*hejmo, ili estas permesataj, kaj la eklezia leĝo kaj ĝiaj aŭtoritatuloj fermas la okulojn pri tio, portempe edziĝi dum sia restado en la urbo. Estas granda daŭra enloĝantaro de edzinoj taŭgaj por la celo. Oni trovas* mullá*on, sub kies sankcio kontrakto estas redaktita kaj formale sigelita de ambaŭ personoj; honorario estas pagita, kaj la unuiĝo estas laŭleĝe plenumita. Post paso de dusemajno aŭ monato, aŭ kio ajn estu la specifita periodo, la kontrakto finiĝas; la portempa edzo reiras al siaj propraj lares et penates en iu malproksima regiono, kaj la sinjorino, post devigita senedzeco de dekkvar tagoj, rekomencas sian karieron persisti edzinecon. Alivorte, giganta sistemo de prostituo, sub la sankcio de la Religio, estas ĝenerala en* Mashhad*. Eble ne estas pli senmorala urbo en Azio; kaj mi bedaŭrus diri, kiom el la neplendemaj pilgrimantoj, kiuj trairas marojn kaj landojn por kisi la kradon de la tombo de la* Imám*, ne estas ankaŭ kuriĝigitaj kaj konsolitaj dum sia marŝado per atendita agrabla libertempo kaj tio, kion la angla ligvo priskribas kiel »bona amuzdiboĉo«"*

## Konkludo

*„Antaŭ ol mi forlasos la temon pri la persa leĝo kaj ĝia administrado, mi aldonu kelkajn vortojn rilate al la temo pri punoj kaj malliberejoj. Nenio estas pli terura al la eŭropa leganto, kiam li sekvas sian vojon tra la krimomakulitaj kaj sangaj folioj de persa historio dum la pasinta kaj, laŭ feliĉa malplia grado, dum la nuna jarcento, ol la priskribo pri sovaĝaj punadoj, kaj abomenaj turmentegoj, kiuj atestas alterne al la senkoremo de la brutulo kaj la eltrovemeco de la diablo. La persa karaktero estis ĉiam fruktodona pri elpensaĵoj kaj indiferenta pri suferado; kaj en la kampo de juĝaj ekzekutoj ĝi trovis vastan agspacon por ekzerci ambaŭ akiraĵojn. Ĝis tre antaŭnelonga periodo, ja en la limoj de la nuna regado, kondamnitaj kriminaloj estis krucumitaj, eksplodigitaj el pafiloj, enterigitaj vivaj, palismortigitaj, hufferumitaj kiel ĉevaloj, disŝiritaj tiamaniere, ke ili estis ligitaj al la suproj de du arboj kune kunigitaj kaj tiam lasitaj rerisortiĝi al siaj naturaj lokoj, ŝanĝitaj en homajn torĉojn, senhaŭtigitaj vivaj.*

*Sub tia duobla regsistemo, kia tiu, kiun mi ĵus priskribis – nome, administrado, en kiu ĉiu partoprenanto estas, laŭ diversaj vidpunktoj, kaj la subaĉetanto kaj la subaĉetito; kaj tia juĝa procedo sen leĝo aŭ juĝejo – oni povos tuj kompreni, ke fido je la Registraro kredeble ne ekzistas, ke estas nenia persona devosento aŭ honorfiereco, nenia reciproka fido aŭ kunlaboro (krom je la servo de malbonfarado), nenia malhonoro en malkaŝo, nenia honoro en virteco, super ĉio, nenia nacia spirito aŭ patrioteco. Tiuj filozofoj pravas, kiuj rezonas, ke reformo morala devas antaŭi materian, kaj interna eksteran, en Persujo. Estas malutile grefti novajn brancetojn sur trunketon, kies propra suko estas eluzita aŭ venenita. Ni povus doni al Persujo vojojn kaj fervojojn; ni povus manovri ĝian armeon kaj vesti ĝiajn metiistojn; sed ni ne estos kondukintaj ĝin en la vicon de civilizitaj nacioj antaŭ ol ni estos atingintaj la koron de la popolo, kaj donintaj novan kaj radikalan sindirekton al la naciaj karaktero kaj institucioj. Mi faris tiun ĉi priskribon pri persa administrado, kiun mi opinias esti vera, por ke Esperantaj legantoj komprenu la sistemon, kiun reformantoj, ĉu fremduloj aŭ enlandanoj, devas kontraŭstari, kaj la feran muron de rezisto konstruita de la plej egoistaj instinktoj, de la homo, kiuj kontraŭas progresemajn ideojn. La ŝaho mem, kiel ajn sincera estu lia deziro enkonduki novaĵon, estas iagreade varbita flanke de ĉi tiu pereiga sistemo pro tio, ke li ŝuldas al ĝi sian privatan riĉaĵon; dum tiuj, kiuj plej laŭte komdamnas ĝin private, ne estas malantaŭ siaj samuloj elmontre klini la kapojn en la templo de Rimon. En ĉiu rango sub la suvereno tute mankas la iniciato ekribeli kontraŭ la tiraneco de antaŭmemora moro; kaj se tia fortikulo, kia estas la nuna reĝo, povas nur prove entrepreni ĝin, kie estas tiu, kiu predikos entuziasme?"*

Eltiraĵoj el *„Persujo kaj la Persa Problemo"*, de Lord Curzon

## Tributo de Bahá'u'lláh al Báb kaj Liaj ĉefaj disĉiploj

### Eltiraĵoj el la Kitáb-i-Íqán

*„Kvankam tre juna kaj juneca, kaj kvankam la Afero, kiun Li revelaciis, estis kontraŭ la deziroj de ĉiuj popoloj de la tero, kaj altaj kaj malaltaj, riĉaj kaj malriĉaj, altigitaj kaj malaltigitaj, reĝo kaj regato, tamen Li leviĝis kaj konstante proklamis ĝin. Ĉiuj sciis kaj aŭdis tion ĉi. Li timis neniun; Li ne pensis pri sekvoj. Ĉu tia afero povus esti malkaŝita krom per la forto de Dia Revelacio, kaj la potenco de la nevenkebla Volo de Dio? Je la justeco de Dio! Se iu konsiderus tiel grandan Revelacion en la koro, la penso pri la deklaro sola konfuzegus lin! Eĉ se la koroj de ĉiuj homoj estus amasigitaj en lian koron, li ankoraŭ hezitus riski tiel timigan entreprenon. Li povus atingi ĝin nur per la permeso de Dio, nur se la enfluejo de la koro estus kunigita kun la Fonto de Dia korfavoro, kaj la animo estus certigita pri la ĉiamfluanta nutrigado de la Plejpotenculo. Al kio, Ni demandas al Ni, ili atribuas tiel grandan kuraĝon? Ĉu ili akuzas Lin pri frenezo, kiel ili akuzis la Profetojn antikvajn? Aŭ ĉu ili pretendas, ke Lia motivo estis nenio alia ol ĉefeco kaj la akirado de surteraj riĉaĵoj?*

*Pardonema Dio! En Sia Libro, kiun Li titolis »*Qayyúmu'l-Asmá'*« – la unua, la plej granda kaj plej potenca el ĉiuj libroj – Li antaŭdiris Sian propran martiriĝon. En ĝi estas la jena frazaro: »Ho Vi Restaĵo de Dio! Mi oferis min tute pro Vi; mi akceptis malbenojn pro Vi; kaj sopiris al nenio krom martireco sur la vojo de Via amo. Sufiĉa Atestanto al mi estas Dio, la Laŭdegato, la Protektanto, la Antaŭtempulo!«*

*... Ĉu oni povus konsideri, ke la Revelacianto de tia eldiro iris sur iu alia vojo, ol la vojo de Dio, kaj sopiris al io alia krom Lia bonplaĉo? Eĉ en ĉi tiu verso estas kaŝita spiro de sindediĉo, pro kiu, se ĝi estus elspirita sur la mondon, ĉiuj homoj forlasus la vivon kaj oferus la animon.*

*... Kaj nun pripensu, kiel ĉi tiu Sadrih de la Riḍván de Dio leviĝis en la juneco por proklami la Aferon de Dio. Jen, kian konstantecon Li, la Belo de Dio, revelaciis! La tuta mondo leviĝis por malhelpi Lin, tamen ĝi tute malsukcesis! Ju pli severa estis la persekutado, kiun ili suferigis sur tiun Sadrihon de Beniteco, des pli Lia fervoro pliiĝis, kaj des pli brile brulis la flamo de Lia amo. Ĉio ĉi tio estas evidenta, kaj neniu disputas ĝian veron. Fine, Li cedis la animon, kaj flugis al la regnoj superaj.*

*... Tiuj kiam tiu eterna Belo revelaciis sin en Shíráz, en la jaro sesdeka, kaj disŝiris la vualon de kaŝo, la signoj de la supereco, la potenco, la suvereneco, kaj povo, kiuj devenis de tiu Esenco de Esencoj kaj Maro de Maroj, evidentiĝis en ĉiu lando. Tiome, ke el ĉiu urbo aperis la signoj, la evidentiĝoj, la memorigaĵoj kaj atestadoj de tiu Dia Astro. Kiel multaj estis tiuj puraj kaj bonvolaj koroj, kiuj fidele respegulis la lumon de tiu eterna Suno! Kaj kiel multecaj la elfluaĵoj de scio el tiu Oceano de Dia Saĝo, kiu ĉirkaŭis ĉiujn estulojn! En ĉiu urbo ĉiuj teologoj kaj nobeluloj leviĝis por malhelpi kaj subpremi ilin, kaj uzis malicon, envion kaj tiranecon por ilia subpremo. Kiel granda estis la nombro de tiuj homoj, tiuj esencoj de justeco, kiuj, akuzitaj pri tiraneco, estis mortigitaj! Kaj kiel multaj enkorpiĝoj de pureco, kiuj elmontris nenion krom vera scio kaj senmakulaj faroj, suferis angoran morton! Malgraŭ ĉio tio ĉi, ĉiu el ĉi tiuj sanktuloj ĝis sia lasta momento flustris la nomon de Dio kaj alten flugis en la gegnon de sincedo kaj rezignado. Tiel estis la potenco kaj alieciga influo, kiujn Li uzis sur ilin, ke ili ĉesis trezorigi ian deziron krom Lia Volo, kaj unuigis la animojn al Lia rememoro.*

*Pripensu: Kiu en la mondo kapablas malkaŝi tiel superegan potencon, tiel trapenestran influon? Ĉiuj ĉi tiuj senmakulaj koroj kaj sanktaj homoj respondis kun absoluta rezignado al la alvoko de Lia dekreto. Anstataŭ plendi, ili dankis al Dio kaj, meze de la mallumo de la angoro ili malkaŝis nenion krom brilan submetiĝon al Lia Volo. Estas bonkonate, kiel senkompata estis la malamo, kaj kiel amaraj la malico kaj malamikeco, kiujn ĉiuj popoloj de la tero sentis al ĉi tiuj Kunuloj. La persekutado kaj doloro, kiujn ili suferigis sur tiujn ĉi sanktajn kaj spiritajn homojn, estis konsideritaj de ili kiel rimedoj al savoteco, prospero, kaj ĉiama sukceso. Ĉu la mondo post la tagoj de Adamo vidis tian tumulton, tiel egan tumulton? Malgraŭ ĉiuj turmentoj, kiujn ili suferis, kaj la multoblaj afliktadoj, kiujn ili elportis, ili fariĝis celoj de universalaj insulto kaj malbonego. Ŝajnas al Mi, ke pacienco estis malkaŝita nur per ilia animfirmeco, kaj fideleco mem estis naskita per iliaj faroj.*

*Pripensadu tiujn ĉi gravegajn okazojn en la koro, por ke vi povu ekkompreni la grandecon de ĉi tiu Revelacio, kaj senti ĝian miregindan gloron."*

### Distingaj trajtoj de Ŝiana Islámo

*„La ĉefa punkto, en kiu la ŝianoj (kiel ankaŭ la aliaj sektoj enkalkulitaj sub la pli ĝenerala termino Imámanoj) diferenciĝas de la sunnanoj, estas la doktrino pri la Imámeco. Laŭ la kredo de ĉi lastaj, la reprezenteco de la Profeto (Khiláfat) estas afero decidota per elekto de liaj sekvantoj, kaj la videbla ĉefo de la mahometana mondo rajtas al la alta posteno malpli per ia speciala difavoro, ol per kombino de ortodokseco kaj administra kapableco. Aliflanke, laŭ la Imámana vidpunkto, la reprezenteco estas afero tute spirita; ofico donita de Dio sola, unue de Lia Profeto, kaj poste de tiuj, kiuj postvenis lin, kaj neniel rilatas al popola elekto aŭ aprobo. Unuvorte, la Khalífih de la sunnanoj estas nur la ekstera kaj videbla Defendanto de la Kredo: la Imám de la ŝianoj estas la didekretita posteulo de la Profeto, iu dotita per ĉiuj perfektecoj kaj spiritaj talentoj, kiun ĉiuj kredantoj devas obei, kies decido estas absoluta kaj fina, kies saĝo estas superhoma, kaj kies vortoj estas aŭtoritataj. La ĝenerala termino Imámeco estas rilatebla al ĉiuj, kiuj havas tiun ĉi duan vidpunkton sen aludo al la maniero, laŭ kiu ili elserĉas la vicon, kaj tial enkalkulas tiajn sektojn, kiaj la Báqíranoj kaj Ismá`ílanoj, kiel ankaŭ la ŝianojn aŭ »Religio de la Dekdu« (Madhhab-i-Ithná-`Asharíyyih), kiel ili estas pli specife difinitaj, pri kiuj solaj ni ĉi tie interesas nin. Ĉi tiuj dekdu estas jene:*

1. `Alí-ibn-i-Abí-ṭálib, *kuzo kaj unua disĉiplo de la Profeto, murdita de* Ibn-i-Muljam *ĉe* Kúfih *en p.H. 40 (p.Kr. 661).*
2. ḥasan, *filo de* `Alí *kaj* Fáṭimih, *kiu naskiĝis en p.H. 2, venenita laŭ ordono de* Mu`ávíyih *I, en p.H. 50 (p.Kr. 670).*
3. ḥusayn, *filo de* `Alí *kaj* Fáṭimih, *kiu naskiĝis en p.H. 4, mortigita ĉe* Karbilá *la 10an de* Muḥarram, *p.H. 61 (10 Okt., p.Kr. 680).*
4. `Alí, *filo de* ḥusayn *kaj* Shahribánú *8filino de* Yazdigird, *la lasta reĝo* Sásáníyána*), ĝenerale nomata* Imám Zaynu'l-`Ábidín, *venenita de* Valíd.
5. Muḥammad-Báqir, *filo de la supre nomita* Zaynu'l-`Abidín *kaj lia kuzino* Umm-i-`Abdu'lláh, *filino de* Imám ḥasan, *venenita de* Ibráhím ibn-i-Valíd.
6. Ja`far-i-ṣádiq, *filo de* Imám Muḥammad-Báqir, *venenita laŭ ordono de* Manṣúr, *la* Khalífih `Abbáside.
7. Músá Káẓim, *filo de* Imám Ja`far-i-ṣádiq, *kiu naskiĝis en p.H. 129, venenita laŭ ordono de* Hárúnu'r-Ráshid *en p.H. 183.*

8. `Alí-ibn-i-Músá'r-Riḍá, *ĝenerale nomata* Imám Riḍá, *kiu naskiĝis en p.H. 153, venenita proksime al* ṭús, *en* Khurásán, *laŭ ordono de* Khalífih Ma'mún, *p.H. 203, kaj enterigita ĉe* Mashhad, *kiu akiras sian nomon kaj sian sanktecon de li.*
9. Muḥammad-Taqí, *filo de* Imám Riḍá, *kiu naskiĝis en p.H. 195, venenita de* Khalífih Mu`taṣim *ĉe* Baghdád, *en p.H. 220.*
10. `Alí-Naqí, *filo de* Imám Muḥammad-Taqí, *kiu naskiĝis en p.H. 213, venenita ĉe* Surra-man-Ra'á, *en p.H. 284.*
11. ḥasan-i-`Askarí, *filo de* Imám `Alí-Naqí, *kiu naskiĝis en p.H. 232, venenita en p.H. 260*
12. Muḥammad, *filo de* Imám ḥasan-i-`Askarí *kaj* Nargis-Khátún, *nomita de la ŝianoj* Imám-Mihdí, *»*ḥujjatu'lláh*« (Pruvo de Dio), »*Baqíya-tu'lláh*« (Restaĵo de Dio), kaj »*Qá'im-i-Ál-i-Muḥammad*« (Tiu, kiu leviĝos de la familio de Mahometo). Li havis ne nur la saman nomon sed la saman kunyihon –* Abu'l-Qásim *– kiel la Profeto, kaj laŭ la ŝianoj ne estas permesite, ke iu alia havu tiun ĉi nomon kaj tiun ĉi* kunyih*on kune. Li naskiĝis ĉe* Surraman-Ra'á *en p.H. 255, kaj postvenis la patron en la* Imámeco *en p.H. 260.*

*La ŝianoj kredas, ke li ne mortis, sed malaperis en subteran trairejon en* Surra-man-Ra'á, *en p.H. 329; ke li ankoraŭ vivas, ĉirkaŭita de elektita aro de liaj sekvantoj en unu el tiuj misteraj urboj,* Jábulqá *kaj* Jábulsá, *kaj ke, kiam la pleneco de tempo venos, kiam la tero estos plena de maljusteco, kaj la kredantoj estos enigitaj en malesperon, li elvenos, proklamita de Jesuo Kristo, renversos la senkredulojn, starigos universalajn pacon kaj justecon, kaj inaŭguros jarmilon da beniteco. Dun la tuta periodo de sia* Imámeco, *t.e. de p.H. 260 ĝis hodiaŭ, la* Imám Mihdí *estis nevidebla kaj neatingebla al la amaso de siaj sekvantoj, kaj ĉi tio estas la signifo de la termino »Forvualiĝo« (*Ghaybat*). Post kiam li prenis sur sin la funkciojn de* Imám *kaj estris la enterigon de la patro kaj antaŭinto,* Imám ḥasan-i-`Askarí, *li malaperis de la vido de ciuj krom kelkaj elektitoj, kiuj unu post la alia daŭris agi kiel perantoj de komunikado inter li kaj liaj sekvantoj. Ĉi tiuj personoj estis konataj kiel »Pordoj« (*Abváb*). La unua el ili estis* Abú-`Umar-`Uthmán ibn-i-Sa`íd `Umarí*; la dua* Abú-Ja`far Muḥammad-ibn-i-`Uthmán, *filo de la supre nomita; la tria* ḥusayn-ibn-i-Rúḥ Naw-bakhtí*; la kvara* Abu'l-ḥasan `Alí-ibn-i-Muḥammad Símarí. *El ĉi tiuj »Pordoj« la unua estis elektita de la* Imám ḥasan-i-`Askarí, *la aliaj de la tiam aganta »Pordo« kun la sankcio kaj aprobo de la* Imám Mihdí. *Ĉi tiu periodo – kiu daŭris dum 69 jaroj – dum kiu la* Imám *estis ankoraŭ atingebla per la »Pordoj«, estas konata kiel la »Malplia« aŭ »Malsupera Forvualiĝo« (*Ghaybat-i-ṣughrá*). Tion ĉi postvenis la »Pligranda« aŭ »Supera Forvualiĝo« (*Ghaybat-i-Kubrá*). Kiam* Abu'l-ḥasan `Alí, *la lasta »Pordo«, alproksimiĝis al sia vivofino, li estis instigita de la kredantoj (kiuj pripensadis malespere la antaŭvidon de tuta apartigo de la* Imám*) nomi posteulon. Tamen, tion ĉi li rifuzis fari, dirante, »Dio havas celon, kiun Li plenumos«. Do post lia morto ĉiu komunikado inter la* Imám *kaj lia Religio ĉesis, kaj la »Supera Forvualiĝo« komenciĝis kaj daŭros ĝis tiam, kiam la Reveno de la* Imám *okazos en la pleneco de tempo"*

Eltiraĵo el *„Historio de Voajĝanto"*, Noto O, pp. 296–99

**Genealogio de la Profeto Mahometo**

Qurraysh

`Abd-i-Manáf

Háshim `Abdu'sh-Shams

`Abdu'l-Muṭṭalib Umayyih

Umayyad Caliphs

`Abdu'lláh Abú-Tálib `Abbás

Muḥammad `Abbásíd Caliphs

Fáṭimih `Alí

ḥasan ḥusayn

Umayyadaj Kalifoj, 661–749 p.Kr.

`Abbásídaj Kalifoj 749–1258 p.Kr.

Fátimaj Kalifoj 1258–1517 p.Kr.

Turkaj kalifoj, 1517–19 p.Kr.

Naskiĝo de Mahometo, Aŭgusto 20a, 570 p.Kr.

Deklaro de Lia Misio, 613–14 p.Kr.

Lia forkuro al Medino, 622 p.Kr.

Abú-Bakri’ṣ-ṣiddíq-ibn-i-Abí-Quḥáfih, 632–34 p.H.

`Umar-ibn-i’l-Khaṭṭáb, 634–44 p.H.

`Uthmán-ibn-i-`Affán, 644–56 p.H.

`Alí-ibn-i-Abí-ṭálib, 656–61 p.H.

**Teorio kaj administrado de leĝo en Persujo meze de la deknaŭa jarcento**

*„La leĝo en Persujo, kaj ja inter mahometanaj popoloj ĝenerale, konsistas el du fakoj: la religia, kaj la komuna leĝo; tio, kio baziĝas sur la mahometana Sankta Skribo, kaj tio, kio baziĝas sur antaŭekzemploj; tio, kio estas administrata de eklezianj, kaj tio, kio estas administrata de civilaj tribunaloj. En Persujo, la antaŭaj estas konataj kiel la* Shar`*, la poste nomitaj kiel la* `Urf*. El ambaŭ evoluas juro, kiu, kvankam neniel scienca, tamen estas sufiĉe praktika en aplikado kaj krude alĝustigita al la bezonoj kaj cirkonstancoj de tiuj, por kiuj ĝi estas administrata. La bazo de aŭtoritateco okaze de la* Shar`*, aŭ Eklezia Leĝo, konsistas el la eldiraĵoj de la Profeto en la Korano; el la opinioj de la Dekdu Sanktaj* Imámoj*, kies voĉo, laŭ la opinio de la ŝianaj mahometanoj, estas apenaŭ malsupera; kaj el la komentarioj de skolo de eminentegaj ekleziaj juristoj. Ĉi tiuj ludis preskaŭ la saman rolon aldoninte al la amplekso de la nacia juro, kiel la eminentaj juris consulti faris al la Komuna Leĝo de Romo, aŭ la Talmudaj komentistoj al la hebrea sistemo. La leĝaro tiel formita estis krude kodigita kaj dividita en kvar partojn, kiuj temas respektive pri religiaj ritoj kaj devoj, pri kontraktoj kaj ŝuldoj, pri personaj aferoj kaj pri porluksaj reguloj kaj juĝa procedo. Ĉi tiu leĝaro estas administrita de eklezia juĝejo konsistanta el* mulláoj*, t.e. laikaj pastroj kaj* mujtahidoj*, t.e. kleraj doktoroj de la leĝo, helpataj kelkafoje de* qáḍanoj *aŭ juĝistoj, kaj sub prezido de aŭtoritatulo konata kiel la* Shaykhu’l-Islám*, unu el kiuj estas kutime elektita de la suvereno al ĉiu granda urbo. En antikvaj tagoj la ĉefo de ĉi tiu eklezia hierarkio estis la* ṣadru’ṣ-ṣudúr*, aŭ Pontifex maximus, altrangulo elektita de la suvereno kaj rangita super la tutan pastraron kaj juĝistraron de la regno. Sed ĉi tiu posteno estis en la kontraŭklerika programo de ŝaho* Nádir *forigita, kaj estis neniam renovigita. En pli malgrandaj urboj kaj vilaĝoj anstatauas tiun ĉi juĝpostenon la loka* mullá *aŭ* mulláoj*, kiuj por kompensaĵo estas ĉiam pretaj kun teksto el la Korano. Okaze de la pli altaj juĝejoj la decido estas ĉiam skribita kune kun la citaĵo el la Sankta Skribo aŭ la komentistoj, sur kiu ĝi estas bazita. Okazoj de ega graveco estas transdonataj al la pli eminentaj* mujtahidoj*, el kiuj neniam estas granda nombro, kiuj gajnas sian postenon nur per eminenta klereco aŭ kapablecoj, konfirmitaj de la popola aprobo, kaj kies decidoj estas malofte disputataj... En verkoj pri la teorio de la leĝo en Persujo, estas ofte skribite, ke krimaj okazoj estas deciditaj de la ekleziaj, kaj civilaj okazoj de la sekularaj juĝejoj. Tamen, kutime ne estas tiel klara diferencigo; la funkcioj kaj la prerogativo de la samrangaj juĝistaroj ŝanĝiĝas en diversaj epokoj, kaj ŝajnas esti afero de hazardo aŭ elekto,  plivole ol neceso; kaj nuntempe, kvankam krimaj okazoj malfacilaj povas esti antaŭmetitaj antaŭ la eklezia juĝejo, tamen ili ĉefe interesiĝas je civilaj aferoj. Demandoj pri herezo aŭ sakrilegio estas kompreneble transdonitaj al ili; ili ankaŭ atentas pri adulto kaj eksedziĝo; kaj ebrieco kiel peko, ne kontraŭ la komuna leĝo (se ja estus afero pri antaŭekzemplo, ebrieco povus prezenti la plej altajn atestaĵojn en Persujo), sed kontraŭ la Korano, estas en la limo de ilia juĝo...*

*De la* Shar`*, mi iras al la* `Urf*, aŭ Komuna Leĝo. Nominale ĉi tio baziĝas sur buŝa tradicio, sur antaŭekzemplo, kaj sur moro. Pro tio ĝi estas malsama en diversaj partoj de la lando. Sed, ĉar ne estas skribita aŭ akceptita kodo, ĝi varias ankoraŭ pli en la praktiko laŭ la karaktero aŭ kaprico de la persono, kiu administras ĝin... La administrantoj de la* `Urf *estas la civilaj magistratanoj ĉie tra la regno, ĉar ne estas sekulara juĝejo aŭ juĝistaro laŭ la Okcidenta modelo. En vilaĝo la okazo estos antaŭmetita antaŭ la* kad-khudá*, aŭ ĉefo; en urbeto antaŭ la* dárúghih*, aŭ policista magistratano. Al ilia juĝo estas antaŭmetitaj ĉiuj malgrandaj pekoj, kiuj okupas policistan juĝejon urban aŭ magistratanaron kamparan en Anglujo. La puno okaze de ŝtelo, aŭ atako, aŭ tiaspecaj pekoj, estas kutime kompenso per rebonigo aŭ per mono; kaj, se manko de rimedoj faras tion neebla, la krimulo estas forte batadata. Ĉiuj ordinaraj krima okazoj estas antaŭmetitaj antaŭ la* ḥakím*, aŭ guberniestro de urbeto; la pli gravaj antaŭ la provinca guberniestro aŭ ĉefguberniestro. La fina apelacia juĝejo ĉiuokaze estas le reĝo, de kies suverena aŭtoritateco ĉi tiuj subaj praktikadoj de juro estas nur delego, kvankam estas malofte, ke petanto ĉe ioma distanco de la ĉefurbo povas aŭdigi sian plendon tiel malproksimen ... Justeco, praktikata tiamaniere de la registaristoj de Persujo, obeas neniajn leĝojn kaj sekvas nenian sistemon. Publikeco estas la sola garantio por justeco, sed granda estas la ŝanco, precipe en la pli malaltaj gradoj, por* píshkash *kaj subaĉeto. La* dárúghihoj *havas reputacion esti kaj severaj kaj subaĉetablaj, kaj estas tiuj, kiuj eĉ diras,  ke ne estas kondamnaĵo fare de oficisto en Persujo, eĉ de la pli altrangaj, kiuj ne povas esti influataj de mona kompensaĵo.”*

Eltiraĵoj el *„Persujo kaj la Persa Problemo”* de Lord Curzon, vol. 1. Pp. 452–55

## Genealogy of the Báb, showing connection with Bahá'u'lláhs Descendants

ṣárá-Sulṭán-Bagum
`Alí-Áqá Muraqqaru'd-Dawlih
Fáṭimih-Sulṭán-Bagum
Mírzá Ibráhím
Mírzá `Alí
Áqá-Bagum
Mírzá Maḥmúd
Munavvar
Mírzá Abu'l-ḥasan
Maryam-Sulṭán-Bagum
ḥájí Mírzá Abu'l-Qásim(5)
Rubábih
Mírzá Raḥím
Siyyid Muḥammad ḥusayn
Mírzá ḥádí(17)
Tayyibih
Bibí-Sakínih
ḥusayn
Shams-i-Jihán-Bagum
Fáṭimih-Sulṭán-Bagum
ṣáḥib-SulṭánBagum
Mírzá Muḥsin(19)
ḥájí Mírzá Siyyid `Alí
ḥájí Siyyid Muḥammad
Siyyid Aḥmad
ḥájí Siyyid Mírzá
ḥájí Mírzá Siyyid ḥasan(3)
Mírzá `Alí
ṭubá
Mírzá ḍiyá
Mírzá ḥabib
Mírzá Buzurg
Mírzá Jalál
Siyyid Áqá
Mírzá Áqá
Zahrá-Bagum(4)
Khadíjih-Bagum(2)
Bibí-Zahrá-Bagum (15)
Mírzá `Ábid(1)
Fúrúghiyyih
Badí`u'lláh
ḥabíbu'lláh
ḍiyá
`Álíyih
ḥájí Siyyid ḥusayn
ḥájí Siyyid Ja`far
Vafá'iyyih
ṣafá'iyyih
Siyyid `Alí
Siyyid Muḥammad
Mírzá Buzurg
Siyyid Mírzá
ḥájí Siyyid Mihdí
ḥájí Mírzá ḥasan-`Alí
Mírzá Muḥammad Báqir
Mírzá Javád
Mírzá `Alí
Mírzá Jalál
Mírzá Abu'l-Qásim
ḥájí Mírzá Áqá
Mírzá Muḥammad-ḥusayn
Khadíjih-Sulṭán-Bagum
Bibí-Ján-Ján-Bagum(6)
ḥájí Mírzá Buzurg
Maryam
Khánum-Ligá
Sulṭán-Bagum
Fáṭimih-Bagum
Bagum-ṣáḥib
Siyyid Áqá
ḥájí Mírzá Siyyid Muḥammad
ḥájí Mírzá Maḥmúd
Mírzá Áqá(16)
ḥájí Mírzá Muḥammad Taqí(10)
ḥájí Mírzá Siyyid Muḥammad(8)
ḥájí Mírzá Muḥammad-`Alí
Mírzá Javád
ḥájí Mírzá Siyyid `Alí(9)
Fáṭimih-Bagum

| Aḥmad(7) | The Báb 1819–1850(13) | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | Mírzá Muḥammad-Riḍá(20) | Mírzá Abu'l-Fatḥ | Mírzá Ibráhím | Mírzá Naṣru'lláh(18)) |
| ṭúbá | `Abdu'l-Bahá 1844–1921(12) | Bahá'u'lláh 1817–1982(14) | Mírzá Buzurg(11) | | |
| ḍíyá'íyyih | | | | | |

## Ŝlosilo al Genealogio de Báb

1. Ido de la Imám ḥusayn, loĝanto de Shíráz.

2. Edzino de Báb.
3. Alnomita „Afnán-i-Kabír”.
4. Edzino de Mírzá Zaynu’l-`Ábidín.
5. Konata kiel „Saqqá-Khání”.
6. Edzino de ḥájí Mírzá Siyyid ḥasan, filo de Mírzá `Alí.
7. Mortis ĉe naskiĝo.
8. Alnomita „Khál-i-Aṣghár”, al kiu la Kitáb-i-Íqán estis skribita.
9. Alnomita „Khál-i-A`ẓam”, unu el la Sep Martiroj de ṭihrán.
10. Alnomita „Vakílu’d-Dawlih”, ĉefa konstruinto de la Mashriqu’l-Adhkár en Ishqábád.
11. Alnomita „Vazír”, naskiĝinto de Núr en Mázindarán; nomita `Abbás.
12. Nomita `Abbás.
13. Nomita `Alí-Muḥammad.
14. Nomita ḥusayn-`Alí.
15. Edzino de Vakílu’d-Dawlih, ḥájí Mírzá Muḥammad-Taqí
16. Solfilo de ḥájí Mírzá Muḥammad-`Alí.
17. Bofilo de `Abdu’l-Bahá.
18. Ido de la Imám ḥusayn, komercisto kaj naskiĝinto de Shíráz.
19. Bofilo de `Abdu’l-Bahá.
20. Sola infano de Mírzá Abu’l-Fatḥ.

**La Dinastio Qájár**

Ŝaho Fatḥ-`Alí, 1798–1834 p. Kr.
Ŝaho Muḥammad, 1835–48 p. Kr.
Ŝaho Náṣiri’d-Dín 1848–96 p. Kr.
Ŝaho Muẓaffari’d-Dín 1896–1907 p. Kr.
Ŝaho Muḥammad-`Alí 1907–09 p. Kr.
Ŝaho Aḥmad, 1909–25 p. Kr.

Mírzá Abu’l-Qásim-i-Qá’im-Maqám.
ḥájí Mírzá Áqásí.
Mírzá Taqí Khán Amír-Niẓám.
Mírzá Áqá Khán-i-Núrí.

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Julio, 1831. 1848-96 | | | | Guberniestro de Hamadán, 1883. Ministro de Justeco, 1885. | | Ruknu'd-Dawlih, Guberniestro de Khurásán. | | |
| | | | | | | | | |
| Mu`inu'd-Dín Mírzá. Deklarita Valí-`Ahd, 1849. Mortis Nov., 1856 | Muḥammad-Káẓim Khán. Deklarita Valí-`Ahd 1856. Mortis Junio, 1858. | Mas`úd Mírzá ẓillu's-Sulṭán, Guberniestro de Iṣfáhán kaj Yazd Galálu'd-Dawlih, Guberniestro de Yazd, 1890. | Ŝaho Muẓaffaru'd-Dín. Naskiĝis Marto, 1853. Deklarita Valí-`Ahd, 1858. 1896-1907. | Kámrán Mírzá Náyibu's-Salṭanih, Guberniestro de ṭihrán, Ministro Milita, kaj Ĉef-generalo. | Nuṣratu'd-Dín Mírzá Sáláru's-Salṭanih. | Muḥammad-Riḍá Mírzá Ruknu's Salṭanih | ḥusayn-`Alí Mírzá Yamínu's-Salṭanih. | Sulṭán Aḥmad Mírzá Asadu's-Salṭanih. |
| | | | Ŝaho Muḥammad-`Alí I`tiḍ'adu's-Salṭanih. 1907-1909. | Malik Manṣúr Mírzá Shu`á`u's Salṭanih. | `Abu'l-Faḍl Mirza. | | | |
| | | | Ŝaho Aḥmad. 1909-25 | | | | | |

*„En ĉi tiu genealogio mi nur menciis la pli gravajn anojn de la Reĝa Familio en ĉiu generacio. Konsiderante, ke la suverenoj Qájár en ĉi tiu jarcento ĉiu naskis virseksan idaron malsama en nombroj de dek ĝis sesdek, estus senutile, se ne neeble, konstrui plenan genealogian tabelon."*

El *„Persia and the Perisan Question"*, vol. 1, p. 390, de Lord Curzon

## Dankesprimo

Multajn dankajn ŝuldas la tradukintino al F-ino Lidya Zamenhof pro ŝiaj valoraj sugestoj kaj helpo; al s-roj Joseph R. Scherer, Ernest G. Dodge, kaj Horatius B. Hastings pro ilia sindediĉa kunlaboro en la tralego kaj kritiko de la manuskripto; kaj al geanoj de la Esperanto-Rondo Amika de Boston pro ilia helpo en la provlegado.

## Antaŭparolo

Estas mia intenco, per la helpo de Dio, dediĉi la enkondukajn paĝojn de ĉi tiu historio al tiaj rakontoj, kiajn mi povis akiri rilate al tiuj duopaj grandaj lumoj, Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í kaj Siyyid Káẓim-i-Rashtí, post kio estas mia espero rakonti kronologie la ĉefajn okazintaĵojn, kiuj okazis de post la jaro '60,[1] la jaro, kiu vidis la deklaron de la Kredo de Báb, ĝis la nuna tempo, la jaro 1305 p. H.[2].

En certaj okazoj mi iom detalos, en aliaj mi kontentiĝos per mallonga resumo de okazintaĵoj. Mi priskribos la epizodojn, kiujn mi mem vidis, kiel ankaŭ tiujn, kiuj estis raportitaj al mi de fidindaj kaj konataj informantoj, kaj specifos en ĉiu okazo iliajn nomojn kaj rangon. Tiuj al kiuj mi ĉefe ŝuldas, estas la jenaj: Mírzá Aḥmad-i-Qazvíní, la diktaskribisto de Báb; Siyyid Ismá`íl-i-Dhabíh; Shaykh ḥasan-i-Zunúzí; Shaykh Abú-Turáb-i-Qazvíní; kaj, laste sed ne malpleje, Mírzá Músá, Áqáy-i-Kalím, frato de Bahá'u'lláh.

Mi dankas al Dio pro tio, ke Li helpis min verki tiujn ĉi antaŭajn paĝojn, kaj pro tio, ke Li benis kaj honorigis ilin per la aprobo de Bahá'u'lláh, kiu afable bonvolis pripensi ilin, kaj kiu konigis, pere de sia diktaskribisto Mírzá Áqá Ján, kiu legis ilin al Li, siajn plaĉon kaj akcepton. Mi preĝas, ke la Plejpotenculo subtenu kaj gvidu min, por ke mi ne peku kaj ŝanceliĝu en la tasko, kiun mi entreprenis plenumi.

Muḥammad-i-Zarandí.[3]
`Akká, Palestino, 1305 p.H.

[1] 1260 p. H. (1844 p. Kr.)

[2] 1887–8 p. Kr.

[3] Lia plena titolo estas Nabíl-i-A`ýam.

# Parto Unua: La Tagoj antaŭ la Revelacio

## *Ĉapitro I*
## *La Misio de Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í*

En la tempo, kiam la brila realeco de la Kredo de Mahometo estis malheligita pro la malklareco, fanatikeco , kaj malvirto de la kontraŭstaraj sektoj, en kiujn ĝi falis, aperis super la horizonto de la Oriento[4] lumiga Stelo de Dia gvidado, Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í[5]. Li rimarkis, kiel tiuj, kiuj konfesis la kredon de Islámo, disbatis ĝian unuecon, subfosis ĝian forton, deklinigis ĝian celon, kaj degradis ĝian sanktan nomon. Lia animo turmentegiĝis pro la koruptemo kaj malpaco, kiuj karakterizis la ŝianan sekton de Islámo. Inspirita per la lumo, kiu brilis en li,[6] li leviĝis kun senerara vidkapablo, kun difinita celo kaj altega sindediĉo por ekprotesti kontraŭ la perfidado al la Kredo de tiuj malnoblaj homoj. Arde fervora kaj konsciante la altegecon de sia elektita tasko, li flame alvokis, ne nur al ŝiana Islámo, sed al ĉiuj sekvantoj de Mahometo tra la Oriento, ke ili vekiĝu el la dormo de senatento kaj pretigu la vojon por Tiu, kiu nepre estos malkaŝita en la pleneco de la tempo, kies lumo sola povos disŝeti la nebulon de antaŭjuĝo kaj nescio, kiuj envolvis tiun Kredon. Forlasante siajn hejmon kaj parencaron sur unu el la insuloj de Bahrayn, Sude de la Persa Golfo, li ekvojiris, kiel ordonite de Dia antaŭvido ĉiopova, por solvi la misterojn de tiuj versoj en la Sankta Skribo Isláma, kiuj antaŭsignis la alvenon de nova Malkaŝanto. Li bone sciis la danĝerojn kaj riskojn, kiuj ĉirkaŭos lian vojon; li tute sentis la premegan respondecon de sia tasko. En lia animo brulis la konvinko, ke nenia reformo en la Kredo de Islámo, kiel ajn drasta, povus efektivigi la regeneradon de ĉi tiu perversa popolo. Li sciis, kaj de la Dia Volo li estis destinita elpruvi, ke nur nova kaj sendependa Revelacio, kiel atestita kaj antaŭmontrita en la Sankta Skribo de Islámo, povus revivigi la sorton kaj renovigi la purecon de tiu dekadenca Kredo.[7]

En la fruaj tagoj de la dektria jarcento de la Heĝiro, kiam li estis kvardekjara, senigita de ĉiuj surteraj havaĵoj kaj apartiĝinta de ĉio krom Dio, li leviĝis por dediĉi la restintajn tagojn de sia vivo al la tasko, kiun li sentis sin instigita entrepreni. Unue li iris en Najafon kaj Karbiláon,[8] kie, post kelkaj jaroj, li akiris konon de la komunaj pensoj kaj kondutnormoj rondirantaj inter la klerularo de Islámo. Tie li iĝis konata kiel unu el la aŭtoritataj klarigantoj de la Islámа Sankta Skribo, li estis proklamita kiel mujtahid, kaj baldaŭ li ricevis plipotencon super la cetero de siaj kolegoj, kiuj aŭ vizitis aestis loĝantaj en tiuj sanktaj urboj. Ĉi tiuj ekrespetkis lin kiel iun iniciatintan en la misterojn de la Dia Revelacio, kaj kapablan solvi la malfacile kompreneblajn parolojn de Mahometo kaj de la imámoj de la Kredo. Ju pli lia influo multiĝis kaj la kampo de lia aŭtoritato larĝiĝis, des pli li trovis sin sieĝata ĉiuflanke de ĉiamkreskanta aro de sindonemaj serĉadantoj, kiuj petis esti klerigataj pri la malsimplaĵoj de la Kredo, kion li ĉion lerte kaj plene klarigis. Pro sia sciado kaj sentimo, li terurigis la korojn de la sufanoj kaj neoplatonanoj kaj aliaj similaj skoloj,[9] kiuj enviis lian klarecon kaj timis lian senkompaton. Per tio li akiris pluan favoron en la okuloj de tiuj kleraj teologiistoj, kiuj konsideris tiujn ĉi sektojn kiel la dissemantojn de malklaraj kaj herezaj doktrinoj. Tamen, kiel ajn granda estis lia famo, kaj kiel ajn universala estis la respekto, kun kiu oni estimis lin, li malŝatis ĉiujn honorojn, kiujn liaj admirantoj superŝutis sur lin. Li miris je ilia sklavema sindono al rando kaj grado, kaj insiste rifuzis kuniĝi kun la celo de iliaj penadoj kaj deziroj.

---

[4] Lia genealogio, laŭ lia filo Šl'ayňl' `Abdu'lláh, estis jena: „Šl'ayňl' Aḥmad-ibn-i-Zaynu'd-Dín-ibn-i-Ibráhím-ibn-i-ṣaňl'r-ibn-i-Ibráhím-ibn-i-Ýáhir-ibn-i-Ramađán-ibn-i-Rašl'íd-ibn-i-Dahím-ibn-i-Šl'imrúňl'-ibn-i-Súlih." (Disertacio pri Šl'ayňl'ismo," I, p. l, de A.L.M. Nicolas).

[5] Li naskiăis en la monato Rajab, 1166 p.H., 24a de aprilo-24a de majo, 1753, en la urbeto Aḥsá, en la provinco Aḥsá, nordoriente de la Araba duoninsulo. (Disertacio pri Šl'ayňl'ismo," I, p. l, de A. L. M. Nicolas). Li naskiăis kiel ĕiano, kvankam liaj prapatroj estis sunnanoj. (Ibid. , p. 2). Laů E. G. Browne ("Historio de Vojaăanto", noto E., p.235), Šl'ayňl' Aḥmad naskiăis en la jaro 1157 p. H., kaj mortis en 1242.

[6] Siyyid Káýim, en sia libro titolita „Dalílu'l-Mutaḩayyirín," skribas jene: Uno nokton nia majstro vidis la Imámon ḩasan, al li estu salutoj! Lia Moĕto metis sian benitan langon en lian buĕon. El la sankta salivo de Lia Moĕto li eltiris la sciadon kaj la helpon de Dio. Laů la gusto, ăi estis sukerita, pli dolőa ol mielo, pli bonodora ol mosko. Ăi estis iome varma. Kiam li regajnis la konsciadon kaj maldormiăis, li enprofundiăis, radiante la klerecon de meditado pri Dio, li plenegiăis je la ondoj de Lia korfavoro kaj tute apartiăis de őio, kio estas alia ol Dio. Lia kredo kaj lia konfido je Dio pligrandiăis samtempe kun lia submetiăo al la Volo de la Plejaltulo. Pro supermezura amo kaj fortega sopiro, kiuj naskiăis en lia koro, li forgesis manăi kaj vesti sin, krom tiom, kiom necesis por ne morti." (Disertacio pri Šl'ayňl'ismo," I, p. 6, de A. L. M. Nicolas)

[7] „Li (Šl'ayňl' Aḥmad) sciis tute bone, ke li estas elektita de Dio por pretigi la korojn de la homaro por la akcepto de la pli plena vero baldaů malkaĕota, kaj ke per li estas reatingebla la alira vojo al la kaĕita dekdua Imám Mihdí. Sed li ne prezentis tion ői en klaraj kaj certaj terminoj, por ke »la nerebonigitaj« ne returnu sin kaj disĕiru lin." („La Interkonsentiăo de Gentoj kaj Religioj," p. 15, de d-ro T. K. Cheyne.)

[8] „Karbilá estas őirkaů 55 mejlojn sudokcidente de Baŕl'dád, sur la bordo de Eůfrato... La tombo de ḩusayn en la urbocentro, kaj de lia frato `Abbás en la sudorienta kvartalo, estas la őefaj konstruaŕoj." (Ăenerala Skizo pri la Historio de Persujo," p. 486, de C. R. Markham). Najaf estas estimegata de la ĕianoj, őar ăi enhavas la tombon de Imám `Alí.

[9] „La őefaj trajtoj de la opinioj de Šl'ayňl' Aḥmad ĕajnis esti jenaj. Li deklaris, ke la tuta sicado kaj őiuj sciencoj troviăas en la Korano, kaj sekve, por kompreni entute la internajn sencojn de la laste nomita, la konado de la unue nomita devas esti akirita. Por disvolvi tiun ői doktrinon, li aplikadis al la sankta teksto kapablajn metodojn de interpretado, kaj penadis akiri konon de la diversaj sciencoj konataj en la Mahometana mondo. Li sentis la plej trograndigitan respekton al la Imámoj, precipe al la Imám Ja`far-i-ṣádiq, laůvice al la sesa el ili, kies vortojn li ofte citis. Pri la estonta vivo kaj ankaů la revivigo de la korpo, li havis opiniojn, kiuj estis ăenerale konsiderataj malortodoksaj, kiel antaůe citite. Li deklaris, ke la korpo de homo estas kunmetita el diversaj apartenaŕoj, devinigitaj el őiu el la kvar elementoj kaj la naů őieloj, kaj ke la korpo, per kiu oni estos levita en la revivigo, enhavas nur la őielajn elementojn, dum la materialaj revenos őe la morto al siaj originaj devenoj. Tiun ői delikatan korpon, kiu sola evitas pereon, li nomis Jism-i-Húriqlíyá, kio estas supozeble greka vorto. Li asertis, ke ăi ekzistas esence en niaj nunaj korpoj, »kiel vitro en ĕtono«. Simile, li asertis, ke, en la okazo de la Nokta Supreniro de la Profeto en la Őielon, estis ői tiu, kaj ne lia materiala korpo, kiu faris la vojaăon. Pro ői tiuj opinioj li estis proklamita malortodoksa de la plejmulto el la ulemoj, kaj akuzita pri subtenado de la doktrinoj de Mullá ṣadrá, la plej glora persa filozofo de la moderna tempo." (Ŕurnalo de la Reăa Societo Azia, 1889, artikolo 12, pp. 890-91.)

Atingite sian celon en tiuj urboj, kaj enspirante la bonodoron, kiu blovetis sur lin en Persujo, li sentis en sia koro nedeteneblan sopiron rapidi al tiu lando. Tamen, li kaŝis de siaj amikoj la veran motivon, kiu instigis lin direkti siajn paŝojn al tiu lando. Voje de la Persa Golfo li rapidis al la lando de sia kordeziro, laŭŝajne por viziti la sanktejojn de la Imám Riḍá en Mashhad.[10] Li avide deziris senŝarĝi Sian animon, kaj fervore serĉis tiujn, al kiuj li povu sciigi la sekreton, kiun li ankoraŭ al neniu malkaŝis. Je sia alveno al Shíráz, la urbo, kiu konservis tiun kaŝatan Trezoron de Dio, kaj el kiu la voĉo de la Heroldo de la nova Malkaŝanto estis laŭdestine proklamota, li iris al la Masjid-i-Jum`ih, moskeo, kiu, laŭ ĝia stilo kaj formo, mirige similis al la sanktejo de Mekko. Multfoje dum li rigardadis tiun konstruaĵon, li rimarkis: *„Vere, ĉi tiu domo de Dio antaŭmontras tiajn signojn, kiajn nur tiuj povas perakcepti, kiuj estas naturdonitaj je kompreno. Ŝajnas al mi, ke tiu, konceptis kaj konstruis ĝin, estis inspirita de Dio."*[11] Kiel ofte kaj kiel pasie li gloris tiun urbon! La laŭdo, kiun li malŝparis pri ĝi, estis tia, ke liaj aŭdantoj, kiuj vere havis tro grandan konon de ĝia mezkvalito, miris je lia esprimmaniero. *„Ne miru,"* li diris al tiuj, kiuj miris, *„ĉar antaŭ nelonge la sekreto de miaj vortoj malkaŝiĝos al vi. Inter vi kelkaj, kiuj sufiĉe longe vivos por vidi la gloron de Tago, kiun la antikvaj profetoj sopiris vidi."* Tiel granda estis lia aŭtoritato en la okuloj de la ulemoj, kiuj konatiĝis kaj interparoladis kun li, ke ili konfesis sin nekapablaj kompreni la signifon de liaj misteraj aludoj, kaj ili atribuis sian mankon al sia nesufiĉa kompreno.

Disseminte la semojn de la Dia sciado en la korojn de tiuj, kiujn li trovis akceptemaj je sia alvoko, Shaykh Aḥmad ekvojaĝis al Yazd, kie li restis kelktempe, daŭre okupante sin pri la dissemado de tiaj veroj, kiujn li sentis sin instigita malkaŝi. La plejmulto el liaj libroj kaj epistoloj estis verkitaj en tiu urbo.[12] Tia estis la famo kiun li akiris,[13] ke la reganto de Persujo, ŝaho Fatḥ-`Alí, sentis sin instigita skribi leteron al li de Ṭihrán,[14] petante, ke li klarigu kelkajn specialajn demandojn rilate al la malfacile kompreneblaj instruoj de la mahometana kredo, kies signifon la ĉefaj ulemoj de sia reĝolando ne povis malkaŝi. Al ĉi tio li bonvole li respondis en la formo de epistolo, al kiu li donis la nomon „Risáliy-i-Sulṭáníyyih." La ŝaho estis tiel plezurigita per la stilo kaj teksto de tiu epistolo, ke li tuj sendis al li duan komunikaĵon, tiun ĉi fojon transdonante al li inviton viziti lian kortegon. Respondante al ĉi tiu dua imperiestra komunikaĵo, li skribis jene: *„Ĉar mi intencis, de post mia foriro de Najaf kaj Karbilá, viziti kaj honorigi la sanktejon de la Imám Riḍa en Mashhad, mi permesas al mi esperi, ke via Imperiestra Moŝto afable konsentos, ke mi plenumu la sanktan promeson, kiun mi faris. Poste, se plaĉos al Dio, estos mia espero kaj celo profiti la honoron, Kiun via Imperiestra Moŝto bonvolis fari al mi."*

Inter tiuj, kiuj en la urbo Yazd estis vekitaj per la revelacio de tiu portanto de la Dia lumo, estis Ḥájí `Abdu'l-Vahháb, granda piulo, justa kaj Ditimema. Li vizitis Shaykh Aḥmadon ĉiutage, kune kun certa Mullá `Abdu'l-Kháliq-i-Yazdí, kiu estis konata pro sia aŭtoritato kaj sciado. Kelkafoje, tamen, por paroli konfidence kun `Abdu'l-Vahháb, Shaykh Aḥmad, je la granda surprizo de la klera `Abdu'l-Kháliq, petis lin foriĝi de lia ĉeesto kaj lasi lin sola kun lia elektita kaj favorita disĉiplo. Ĉi tiu malkaŝita prefero, elmontrita al tiel modesta kaj malklera persono kiel `Abdu'l-Vahháb, estis kaŭzo de granda surprizo al ĉi tiu kunulo, kiu ja tro multe konsciis sian propran superemon kaj scion. Pli poste, tamen, kiam Shaykh Aḥmad jam forlasis el Yazd, `Abdu'l-Vahháb foriĝis de la homa socio kaj iĝis konsiderata kiel sufano. Tamen, li estis denuncata kiel uzurpulo de la ortodoksaj ĉefoj de tiu komunumo, kiel ekzemple la Ni`matu'lláhí kaj Dhahabí, kaj li estis suspektata je deziro senigi ilin je ilia ĉefeco. `Abdu'l-Vahháb, por kiu la sufana doktrino enhavis nenian apartan altiron, malestimis iliajn maljustajn kulpigojn kaj evitis ilian socion. Li kunestis kun neniu krom Hájí ḥasan-i-Náyiní, kiun li elektis sian intiman amikon, kaj al kiu li konfidis la sekreton, je kiu li estis komisiita de sia

---

[10] En la naŭa jarcento la kadavro de la Imám Riđá, filo de la Imám Músá kaj la oka el la dekdu Imámoj, estis enterigita en Mašľhad.

[11] „En la lando Fárs troviăas moskeo, meze de kiu staras strukturo simila al la Ka`bih (Masjid-i-Jum`ih). Ăi estis konstruita nur kiel signo al tiu lando antaŭ la malkaěo de la Dia volo en la Konstruo de la domo en tiu lando. (Aludo al la nova Mekko, t.e. la domo de Báb en Šľíráz. Feliőa estas tium kiu adoras Dion en tiu lando. Vere, ankaŭ ni adoris Dion tie, kaj tie ni preăis por tiu, kiu konstruis tiun strukturon." („La Bayáno Persa," vol. 2, p. 151.)

[12] A. L. M. Nicolas, en őapitro V de sia libro, „Disertacio pri Šľayňľismo," donas liston de ne malpli ol naůdek ses volumoj, reprezentantaj la tutan literaturan eldonon de ői tiu produktema verkisto. Inter ili la plej gravaj estas jenaj:

1. Komentario pri la Zíyáratu'l Jámi`atu'l-Kabírih de Šľayňľ Hádí.
2. Komentario pri la verso „Qu'l Huválláh-u-Aḥad."
3. Risáliy-i-Ňľáqáníyyih, responde al la demando de ěaho Fatḥ-`Alí, rilate al la supereco de Qá'im super Liaj patroj.
4. Pri sonăoj.
5. Respondo al Šľayňľ Músáy-i-Baḥrayní, rilate al la rango kaj pretendoj de la Sáḥibu'z-Żamán.
6. Respondo al la sufanoj.
7. Respondo al Mullá Mihdíy-i-Astirábádí, pri la prianima scio.
8. Pri la ăojoj kaj doloroj de la estonta vivo.
9. Respondo al Mullá `Alí-Akbar, pri la plej bona vojo al la atingo de Dio.
10. Pri la Revivigo.

[13] „La novaŕo pri lia alveno faris grandan sensacion, kaj kelkaj el la plej eminentaj ulemoj bonvenigis lin kun honoro. Ili superĕutis lin per granda estimo, kaj la loăantoj de la urbo imitis ilin. Őiuj ulemoj venis lin viziti. Estis bonkonate, ke li estis la plej klera el la plej kleraj." (Disertacio pri Šľayňľismo," p. l8, de A. L. M. Nicolas).

[14] A. L. M. Nicolas, en sia libro, „Disertacio pri Šľayňľismo," (pp.19-20), aludas al la dua letero skribita de la ěaho al Šľayňľ Aḥmad. „La ěaho, antaůsciiăinte, denove skribis al li, dirante, ke sendube estas sia propra devo delokiăi ka veni al Yazd por viziti la gloran kaj sanktan eminentulon, kies piedoj esta beno al la regiono, sur kiun li konsentas meti ilin, sed ke, pro politikaj kialoj de alta graveco, li ne povas en tiu momento forlasi la őefurbon. Ke cetere, okaze de sia translokiăo, li estas devigita kunvenigi kun si almenaů korpuson da dekmil homoj; nu, la urbo Yazd estas tro malgranda, ăiaj kampoj tro nebonaj, por ricevi tian pliaŕon da loăantoj. La alveno de tiel multenombra soldataro certe okazigus mankegon. »Vi ne volus tian malfeliőon, mi estas certa, kaj mi opinias, ke kvankam mi ja estus nenio kompare kun vi, vi konsentos, tamen, veni viziti min.«"

majstro. Kiam `Abdu'l-Vahháb mortis, ĉi tiu amiko, sekvante lian ekzemplon, daŭrigis laŭiri la vojon, kiun tiu gvidis lin surpaŝi, kaj anoncis al ĉiu akceptema homo la novaĵon de la rapide alvenanta Revelacio de Dio.

Mírzá Maḥmúd-i-Qamṣarí, kiun mi renkontis en Káshán, kaj kiu tiam estis maljunulo de pli ol naŭdek jaroj kaj estis kore amata kaj estimegata de ĉiuj, kiuj konis lin, rakontis al mi la jenan historion: *„Mi ekmemoras, ke, en mia juneco, kiam mi estis loĝanta en Káshán, mi aŭdis pri certa sinjoro en Náyin, kiu leviĝis por anonci la novaĵon de nova Revelacio, kaj pro kies ĉarmo ensorĉiĝis ĉiuj, kiuj aŭdis lin, ĉu instruituloj, registraj oficistoj, aŭ la malkleruloj. Lia influo estis tia, ke tiuj, kiuj renkontis lin, forlasis la mondon kaj malestimis ĝian riĉecon. Scivolante konstati la veron, mi iris, sen la scio de miaj amikoj, al Náyin, kie mi sukcesis kontroli la komunajn raportojn pri li. Lia radianta vizaĝo rebrilis la lumon, kiu estis ekbruligita en la animo. Unu tagon, post lia matena preĝo, mi aŭdis lin paroli tiujn ĉi vortojn: »Antaŭ nelonge la tero fariĝos paradizo. Antaŭ nelonge Persujo fariĝos la sanktejo, ĉirkaŭ kiu rondiros la popoloj de la tero.« Unu matenon, je tagiĝo, mi trovis lin sternitan, ripetantan plensindoneme la vortojn »`Alláh-u-Akbar.«*[15] *Je mia granda surprizo, li turnis sin al mi kaj diris, »Tio, kion mi anoncadis al. vi, estas nun malkaŝita. Ĝuste en ĉi tiu horo la lumo de la Promesito ekmontriĝas kaj superŝutas iluminadon sur la mondon. Ho Maḥmúd, vere mi diras, vi ĝisvivos vidi tiun Tagon de tagoj.« La vortoj, kiujn tiu sanktulo diris al mi, sonoradis en miaj oreloj ĝis la tago, kiam, en la jaro sesdeka, mi estis privilegiita aŭdi la alvokon, kiu leviĝis el Shíráz. Ho ve! Pro mia malforto mi ne povis rapidi al. tiu urbo. Pli poste, kiam Báb, la heroldo de la nova Revelacio, alvenis en Káshánon kaj dum tri noktoj loĝis kiel gasto en la domo de ḥájí Mírzá Jání, mi ne sciis pri Lia vizito, kaj tiel preterlasis la honoron atingi Lian ĉeeston. Post kelka tempo, konversaciante kun la sekvantoj de la Kredo, mi informiĝis, ke la naskiĝtago de Báb estis la unua tago de la monato Muḥarram, en la jaro 1235 p.H.*[16] *Mi konstatis, ke la tago, al kiu ḥájí ḥasan-i-Náyiní aludis, ne estas konforma al ĉi tiu dato, ke efektive inter ili estas dujara diferenco. Ĉi tiu penso forte konfuzis min. Post longa tempo, tamen, mi konatiĝis kun certa ḥájí Mírzá Kamálu'd-Dín-i-Naráqí, kiu sciigis al mi la Revelacion de Bahá'u'lláh en Baghdád, kaj kiu konfidis al mi multajn versojn el la »Qaṣídiy-i-Varqá'íyyih«, kiel ankaŭ certajn eltiraĵojn el la Persaj kaj Arabaj »Kaŝitaj Vortoj.« Mi kortuŝiĝis profundanime, dum mi aŭdis lin recitantan tiujn sanktajn vortojn. La jenon mi ankoraŭ klare memoras: »Ho Filo de Ekzisto! Via koro estas mia hejmo; sanktigu ĝin por Mia malsuprenveno. Via spirito estas Mia malkaŝejo; puriĝu ĝin por mia aperiĝo. Ho Filo de la Tero! Se vi deziras Min, servu neniun krom Mi; kaj se vi deziras rigardi Mian belon, forturnu viajn okulojn de la mondo kaj ĉio, kio estas en ĝi; ĉar mia volo kaj la volo de alia ol Mi, ĝuste kiel fajro kaj akvo, ne povas enteniĝi kune en la sama koro.« Mi demandis lin pri la naskiĝdato de Bahá'u'lláh. »Je tagiĝo, la duan tagon de Muḥarram,« li respondis, »en la jaro 1233 p. H.«*[17] *Mi tuj memoris la vortojn de ḥájí ḥasan kaj ekmemoris la tagon, en kiu ili estis parolitaj. Instinkte mi terenfalis kaj ekkriis: »Glorata estas Vi, ho mia Dio, pro tio, ke Vi ebligis al mi atingi tiun ĉi promesitan Tagon. Se nun mi estos alvokita al. Vi, mi mortos kontenta kaj konfida.«"* Tiun saman jaron, la jaro 1274 p. H.,[18] tiu respekteginda kaj radianta homo cedis sian spiriton al Dio.

Ĉi tiu rakonto, kiun mi aŭdis el la lipoj de Mírzá Maḥmúd-i-Qamṣarí mem, kaj kiu ankoraŭ rondiras inter la homoj, certe pruvas forte la sagacecon de la mortinta Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í, kaj konvinke atestas la influon, kiun li uzis sur siajn proksimajn disĉiplojn. La promeso, kiun li faris al ili, fine plenumiĝis, kaj la mistero, per kiu li flamigis iliajn animojn, disvolvigis en sia tuta gloro.

Dum tiuj tagoj, kiam Shaykh Aḥmad pretiĝis foriri el Yazd, Siyyid Káẓim-i-Rashtí,[19] tiu alia lumigilo de Dia gvidado, ekvojaĝis el sia naskiĝa provinco Gílán, por viziti Shaykh Aḥmadon antaŭ ol ĉi tiu entreprenis sian pilgrimadon al. Khurásán. Dum sia unua intervjuo kun li, Shaykh Aḥmad diris tiujn ĉi vortojn: *„Mi bonvenigas vin, ho mia amiko! Kiel longe kaj kiel avide mi atendis, por ke vi venu kaj liberigu min de la aroganteco de ĉi tiu perversa popolo! Mi suferas pro la senhontemo de iliaj faroj kaj la malvirteco de ilia karaktero. »Vere, Ni proponis al la tero, kaj al la montoj, ke ili akceptu la konfidon de Dio, sed ili rifuzis la ŝarĝon, kaj ili timis akcepti ĝin. La homo entreprenis subteni ĝin; sed vere, li pruviĝis maljusta, malklera.«"*.

Jam de sia frua juneco ĉi tiu Siyyid Káẓim montris signojn de rimarkinda intelekta povo kaj spirita envido. Li estis unika inter ĉiuj el sia propra rango kaj aĝo. En la aĝo dekunu jaroj li estis lernita parkere la tutan Koranon. En la aĝo de dekkvar jaroj li estis lernita parkere grandegan nombron da preĝoj kaj akceptitaj tradicioj de Mahometo. En la aĝo dekok jaroj li estis verkinta komentarion pri verso en la Korano, konata kiel la Áyatu'l-Kursí, kiu okazigis la miron kaj la admiron de la plej kleraj de sia periodo. Lia pieco, la dolĉanimeco de lia karaktero, kaj lia humileco estis tiaj, ke ĉiuj, kiuj konis lin, ĉu junaj aŭ maljunaj, profunde impresiĝis.

---

[15] „Dio estas la plej granda."

[16] 20. Oktobro, 1819. p. Kr.

[17] 12. Novembro, 1817. p. Kr.

[18] 1857-8 p. Kr.

[19] La familio de Siyyid Káýim estis bonfamaj negocistoj. Lia patro nomiăis Áqá Siyyid Qásim. Kiam li estis dekdujara, li loăis en Ardibíl, proksime al la tombo de Šľayňľ Safí'u'd-Dín Isḥáq, ido de la sepa Imán Músá Káýim kaj la patro de la ṣafavíaj reăoj. Unu nokton, en sonăo, estis signite al li el unu el la eminentaj idoj de la entombigita sanktulo, ke li submetiău sub la spiritan gvidadon de Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í, kiu en ői tiu tempo loăis en Yazd. Sekve li iris tien kaj enskribis sin inter la disőiplojn de Šľayňľ Aḥmad, en la kono de kies doktrino li atingis tian eminentecon, ke post la morto de la Šľayňľ li estis unuanime akceptita kiel őefo de la Šľayňľa skolo." (Historio de Vojaăanto," Noto E, p. 238.)

En la jaro 1231 p. H.,[20] en la aĝo de dudek du jaroj, forlasante siajn hejmon, parencaron kaj amikojn, li foriris el Gílán, celante atingi la ĉeeston de tiu, kiu tiel noble leviĝis por proklami la proksimiĝantan tagon de la Dia Revelacio. Li kunestis kun Shaykh Aḥmad nur kelkajn semajnojn, kiam, unu tagon, ĉi tiu turnis sin al li kaj diris al li tiujn ĉi vortojn: *„Restu en via hejmo kaj ĉesu ĉeesti miajn prelegojn. Tiuj el miaj disĉiploj, kiuj sentos sin konfuzitaj, de nun direktos sin al vi kaj petos ricevi de vi mem tian helpon, kiajn ajn ili bezonos. Per la saĝeco, kiun la Sinjoro via Dio donacis al vi, vi solvos iliajn problemojn kaj trankviligos iliajn korojn. Per la potenco de via eldiro vi helpos revivigi la forte malzorgitan Kredon de Mahometo, via famega prapatro."* Ĉi tiuj vortoj, diritaj al Siyyid Káẓim, okazigis la kontraŭsenton kaj ekscitis la envion de la elstaraj disĉiploj de Shaykh Aḥmad, inter kiuj estis Mullá Muḥammad-i-Mámáqání kaj Mullá `Abdu'l-Kháliq-i-Yazdí. Tamen, tiel forta estis la indeco de Siyyid Káẓim, kaj tiel rimarkinda estis la evidenteco de liaj scio kaj saĝeco, ke ĉi tiuj disĉiploj timegiĝis kaj sentis sin devigitaj submetiĝi.

Shaykh Aḥmad, tiel konfidante siajn disĉiplojn al la gvidado de Siyyid Káẓim, foriris al Khurásán. Tie li restis kelkatempe, proksime al la sanktejo de la Imám Riḍá en Mashhad. En la urba regioono li daŭrigis kun malŝparega fervoro la progresigon de sia laboro. Per solvado de la malsimplaĵoj, kiuj maltrankviligis la spiritojn de la serĉadantoj, li daŭrigis pretigi la vojon por la alveno de la venonta Malkaŝanto. En tiu urbo li pli kaj pli konsciiĝis, ke la Tago, kiu vidos la naskiĝon de la Promesinto, ne estas malproksime. Li sentis, ke la promesita horo rapide alproksimiĝas. El la direkto de Núr, en la provinco Mázindarán, li provis ekvidi la unuajn lumetojn proklamantajn la tagiĝon de la promesita Spiritordo. Pro li estis proksima la Revelacio antaŭsignita en la jenaj tradiciaj eldiroj: *„Antaŭ nelonge vi vidos la vizaĝon de via Dio, brilegantan kiel la luno en plena gloro. Kaj tamen, vi nepre ne unuiĝos por akcepti Lian veron kaj subteni Lian Kredon."* Kaj *„Unu el la plej potencaj signoj, kiuj signalos la alvenon de la promesita Horo, estas ĉi tio: »Virino naskos Tiun, kiu estos ŝia Sinjoro.«"*

Tial, Shaykh Aḥmad direktis sin al Núr, kaj kune kun Siyyid Káẓim kaj aro da siaj eminentaj disĉiploj, iris al ṭihrán. La ŝaho de Persujo, informita pri la alproksimiĝo de Shaykh Aḥmad al sia ĉefurbo, ordonis al la altranguloj kaj la oficistoj de ṭihrán, ke ili iru renkonti lin. Li ordonis, ke ili transdonu koran bonvenesprimon lianome. La eminenta gasto kaj liaj kunuloj estis reĝe gastigataj de la ŝaho, kiu persone vizitis lin kaj deklaris lin esti *„la gloro de sia patrujo kaj ornamaĵo al sia popolo."*[21] En tiuj tagoj naskiĝis Infano en antikva kaj nobla familio de Núr,[22] kies patro estis Mírzá `Abbás, pli bone konata kiel Mírzá Buzurg, Favorata regna ministro. Tiu Infano estis Bahá'u'lláh.[23] Je tagiĝo, la duan tagon de Muḥarram, en la jaro 1233 p. H.,[24] la mondo, ne sciante ĝian signifon, vidis la naskiĝon de Tiu, kiu estis destinita oferi al ĝi tiajn nekalkuleblajn benojn. Shaykh Aḥmad, kiu plene konstatis la signifon de ĉi tiu bonaŭspicia okaznitaĵo, sopiris pasigi la restontajn tagojn de sia vivo en la kortega ĉirkaŭaĵo de ĉi tiu ia, ĉi tiu novenaskita Reĝo. Sed ĉi tio ne estis destinita. Kun sia soifo nekvietigita, kun sia sopirado nekontentigita, li sentis sin devigita submetiĝi al la nerevokebla dekreto de Dio, kaj forlasante la urbon de sia Amato, li iris al Kirmánsháh.

La guberniestro de Kirmánsháh, princo Muḥammad-`Alí Mírzá, la plej maljuna filo de la ŝaho kaj la plej lerta ano de sia familio, jam petis permeson de lia Imperiestra Moŝto, ke li ebligu lin persone gastigi kaj servi Shaykh Aḥmadon.[25] Tiel favorata estis la princo en la okuloj de la ŝaho, ke lia patro estis tuj plenumita. Tute submetiĝinta al sia destino, Shaykh Aḥmad adiaŭis ṭihránon. Antaŭ ol sia foriro el tiu urbo, li flustris preĝon, ke ĉi tiu kaŝita trezoro de Dio, nun naskita inter siaj samlandanoj, estu gardata kaj ame protektata de ili, ke ili konstatu la plenmezuron de Liaj beniteco kaj gloro, kaj estu ebligitaj proklami Lian bonegecon al ĉiuj nacioj kaj popoloj.

Je sia alveno en Kirmánsháhon, Shaykh Aḥmad decidis elekti aron de la plej akceptemaj el siaj ŝianaj disĉiploj, kaj per dediĉado de sia aparta atendo al ilia klerigo, ebligi al ili fariĝi la plej agemaj subtenantoj de la Afero de la promesita Revelacio. En la serio de libroj kaj epistoloj, kiuj li entreprenis venki, inter kiuj troviĝas lia bonkonata verko Sharḥu'z-Zíyárih, li laŭdegis, per klaraj kaj brilegaj vortoj, la virtojn de la imámoj de la Kredo, kaj doonis apartan emfazon al iliaj aludoj pri la alveno de la Promesito. Per siaj oftaj aludoj al ḥusayn, li volis indiki, tamen, neniun alian, ol la ḥusaynon, kiu estas ankoraŭ malkaŝota; kaj per siaj aludoj al la ĉiam reokazanta nomo `Alí, li intencis ne la `Alíon, kiu estis mortigita, sed la `Alíon novenaskitan. Al tiuj, kiuj demandis lin pri la signoj, kiuj nepre proklamos la alvenon de la Qá'im, li forte asertis la neeviteblecon de la promesita Spiritordo. La saman jaroj, en kiu naskiĝis Báb, Shaykh Aḥmad suferis perdon de sia filo, kies nomo estis Shaykh `Alí. Al siaj disĉiploj, kiuj funebris lian perdon, li parolis tiujn ĉi

---

[20] 1815-16 p. Kr.

[21] „De tago al tago la ǎaho sentis kreskadi sian bonvolon kaj respekton al la Šľayňľ. Li devosentis obei al li, kaj estus konsiderita kiel blasfemon la kontraůstaron kontraů li. Cetere, en tiu tempo okazis sinsekvaj tertremoj en Rajj, kaj multaj domoj estis detruitaj. La ǎaho havis sonǎon, en kiu estis deklarite al. li, ke, se Šľayňľ Aḥmad ne őeestus tie, la tuta urbo estus renversita kaj őiuj loǎantoj mortigitaj. Li vekiǎis timegigite, kaj lia fido je la Šľayňľ des pli grandiǎis." („Disertacio pri Šľayňľismo," I, p. 21, de A. L. M. Nicolas.)

[22] En siaj verkoj, Mírzá Abú'l-Fadl asertas, ke la genealogio de Bahá'u'lláh povas esti elesplorata ǎis la antikvaj Profetoj de Persujo, kiel ankaů ǎis ǎiaj reǎoj, kiuj regis la landon antaů la Araba invado.

[23] Lia nomo estis Mírzá ḥusayn-`Alí.

[24] 12. Novembro, 1817. P. Kr.

[25] Kirmánšľáh atendis lin kun granda malpacienco. La princo guberniestro Muḥammad-`Alí Mírzá sendis la tutan urbon al lia renkonto, kaj en Čľáh-Qílán oni starigis tendaron por bonvenigi lin. La princo venis renkonte al li ǎis Táj-Ábád, kiu estas kvar farsaňľojn de la urbo." („Disertacio pri Šľayňľismo," I, p. 30, de A. L. M. Nicolas.)

vortojn de konsolo: *„Ne malĝoju, ho miaj amikoj, ĉar mi oferdonis mian filon, mian propran `Alíon, kiel oferaĵon pro la `Alí, kies alvenon ni ĉiuj atendas. Tiucele mi edukis kaj pretigis lin.”*

Báb, kies nomo estis `Alí-Muḥammad, naskiĝis en Shíráz, la unuan de Muḥarram, en la jaro 1235 p. H. Li estis ido de familio glorata pro ĝia nobleco, kiu devenis de Mahometo mem. Lia patro, Siyyid Muḥammad-Riḍá, kiel ankaŭ lia patrino, estis idoj de la Profeto, kaj apartenis al familioj bonkonata rango. La dato de Lia naskiĝo firmigis la verecon de la diraĵo atribuita al la Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj: *„Mi estas du jarojn pli juna, ol mia Sinjoro.”* La mistero de ĉi tiu eldiro, tamen, restis kaŝita, krom al tiuj, kiuj serĉadis kaj konfesis la verecon de la nova Revelacio. Estis Li, Báb, kiu, en sia unua, sia plej grava kaj ekzaltita Libro, malkaŝis tiun ĉi eltiraĵon rilate al Bahá’u’lláh: *„Ho Vi Restaĵo de Dio! Mi oferis min tute por Vi; Mi konsentis esti malbenata pro Vi; kaj sopiris al nenio krom maltireco en la vojo de Via amo. Sufiĉa atestanto al Mi estas Dio, la Ekzaltita, la Protektanto, la Antaŭtempulo!”*

Dum Shaykh Aḥmad gastis en Kirmánsháh, li ricevis tiom da pruvoj de arda sindonemo de princo Muḥammad-`Alí Mírzá ke foje li estis instigita aludi al la princo en la jenaj terminoj: *„Muḥammad-`Alíon mi konsideras kiel mian propran filon, eĉ se li estas ido de Fatḥ-`Alí.”* Rimarkinde granda aro da serĉadantoj kaj disĉiploj amasiĝis en lian domon kaj avide ĉeestis liajn prelegojn. Al neniuj, tamen, li emis montri la konsideron kaj korinklinan estimon, kiuj karakterizis lain sintenon al Siyyid Káẓim. Ŝajnis, ke li elektis lin el la popolamaso, kiu svarmis vidi, kaj estis pretiganta lin por daŭrigi, post lia morto, lian laboron kun nemalkreskanta vigleco. Unu tagon, unu el la disĉiploj demandis al Shaykh Aḥmad pri la Vorto, kiun la Promesinto estas parolonta en la pleneco de la tempo, Vorto tiel ege timiga, ke la tricent dektri ĉefoj kaj nobeloj de la tuta tero ĉiuj forkuros pro konsterno, kvazaŭ premegataj pro ĝia grandega pezeco. Shaykh Aḥmad respondis al li: *„Kiel vi povus tromemfide subteni la pezecon de la Vorto, kiun la gentestroj de la tero ne kapablas elporti? Ne penu kontentigi neeblan deziron. Ĉesu faradi al mi tiun ĉi demandon, kaj petegu pardonon de Dio.”* Tiu tro memfida demandanto denove urĝis lin malkaŝi la kvaliton de tiu Vorto. Fine Shaykh Aḥmad respondis: *„Se vi atingus tiun Tagon, se oni ordonus, ke vi malkonfesu la gardantecon de `Alí kaj neu ĝian validecon, kion vi dirus?” „Dio malpermesu!”* li ekkriis. *„Tiaj aferoj neniam povas esti. Estas neimageble al mi, ke tiaj vortoj elvenus el la buŝo de la Promesito.”* Kiel doloriga estis lia eraro, kaj kiel kompatinda estis lia stato! Lia fido estis presita per la pesilo kaj pruviĝis mankohava, ĉar li nepre ne konfesis, ke Tiu, kiu devos esti malkaŝita, estas donita je tiu superega potenco, kiun neniu kuraĝu dubi. Lia estas la rajto *„ordoni tion, kion ajn Li volas, kaj dekreti tion, kion Li deziras.”* Kiu ajn sanĉeliĝas, kiu ajn dubas Lian aŭtoritaton, eĉ se nur momente aŭ pli mallonge, seniĝas je Lia favoro kaj konsideriĝas pekoplena. Kaj tamen, tre malmultaj el tiuj, kiuj aŭskultis Shaykh Aḥmadon en tiu urbo kaj aŭdis lin disvolvi la misterojn de la aludoj en la Sankta Skribo, povis ĝuste estimi la sencon de liaj elparoloj aŭ kompreneti ilian celon. Siyyid Káẓim, lia lerta kaj eminenta helpanto, sola povis pretendi kompreni lian signifon.

Post la morto de la princo Muḥammad-`Alí Mírzá[26] Shaykh Aḥmad, malembarasita de la urĝaj petegoj de la princo, ke li plidaŭrigu sian gastadon en Kirmánsháh, transloĝiĝis al. Karbilá. Kvankam ekstere li ŝajnis rondiri ĉirkaŭ la sanktejo de la Siyyidu’sh-Shuhadá,[27] la Imán ḥusayn, tamen lia koro, dum li faris tiujn ritojn, sopiris al. tiu vera ḥusayn, la sola celo de lia korinklino. Agero de la plenaj eminentaj ulemoj kaj mujtahidoj svarmis viziti lin. Multaj ekenviis lian bonfamon, kaj multaj penis malfortigi lian aŭtoritaton. Kiom ajn ili klopodis, ili tamen malsukcesis malfirmigi lian pozicion de senduba supereco inter la klerularo de tiu urbo. Fine tiu brilanta lumo estis alvokita direkti sian radiecon sur la sanktajn urbojn Mekko kaj Medino. Tien li vojaĝis, tie li daŭrigis sian laboradon kun senlima sindono, kaj tie li estis enterigita en la ombro de la tombo de la Profeto, por la komprenigo de kies Afero li tiel fidele laboradis.

Antaŭ ol li foriris el Karbilá, li konfidis al Siyyid Káẓim, sia elektita posteulo, la sekretojn de sia misio,[28] kaj instruis, ke li klopodu ekbruligi en ĉiu akceptema koro la fajron, kiu brulis tiel brile en li. Kiom ajn Siyyid Káẓim insistis akompani lin ĝis Najaf, Shaykh Aḥmad rifuzis konsenti je lia peto. *„Ne malŝparu la tempon,”* estis la lastaj vortoj, kiujn li diris al. li. *„Ĉiu pasanta horo devas esti plene kaj saĝe utiligata. Vi devas daŭre penadi, kaj tage kaj nokte celi disŝiri, per Difavoro kaj la mano de saĝeco kaj bonkoreco, tiujn vualojn de senzorgo, kiuj blindigas la okulojn de la homoj. Ĉar vere mi diras, la Horo alproksimiĝas, la Horo, kiun mi petegos, ke Dio bene permesu al mi ne vidi, ĉar la tertremo de la Lasta Horo estos timegiga. Vi devas preĝi, ke Dio ŝparu al vi la submetiggajn provojn de tiu Tago, ĉar neniu el ni povas rezisti ĝian vastan forton. Aliaj, pro pli grandaj suferkapablo kaj povo, estas destinitaj elporti tiun ĉi grandegan ŝarĝon, homoj, kies koroj estas sanktigitaj je ĉiuj surteraj aferoj, kaj kiej forto plifortigita per la potenco de Lia povo.”*

Parolinte tiujn ĉi vortojn Shaykh Aḥmad adiaŭis lin, instigis lin elporti kuraĝe la suferojn, kiuj devos aflikti lin, kaj konfidis lin al la protektado de Dio. En Karbilá, Siyyid Káẓim sin donis al la laboro komencita de sia majstro, klarigis liajn instruojn, defendis lian Aferon, kaj respondis al ĉiuj tiuj demandoj, kiuj konfuzis la mensojn de liaj disĉiploj. La vigleco, kun kiu li daŭrigis sian taskon, ekscitis la malamikecon de la malkleraj kaj enviemaj. „Dum kvardek jaroj,” ili bruegadis, „ni permesis, ke la tropretendemaj instruoj de Shaykh Aḥmad estu dissemataj, sen ia ajn kontraŭstaro neniaflanke. Ni ne povas plu toleri similajn pretendojn flanke de lia posteulo, kiu malakceptas la kredon pri la revivigo

---

[26] 1237 p. H.

[27] "La Princo de Martiroj."

[28] A. L. M. Nicolas, en sia antaŭparolo al „Disertacio pri Śľayňľismo,” I, citas la jenon kiel diritan de Śľayňľ Aḥmad pri Siyyid Káýim: "Estas nur Siyyid Káýim-i-Rašľtí, kiu komprenas mian celon, kaj neniu krom li komprenas ăin... Serőu la sciadon, post mi, őe Siyyid Káýim-i-Rašľtí, kiu akiris ăin rekte de mi, kiu őerpis ăin de la imámoj, kiuj lernis ăin de la Profeto, al kiu Dio donis ăin... Li estas la sola, kiu komprenas min!"

de la korpo, kiu malkonfesas la laŭliteran klarigon de la `Mi`ráj,[29] kiu konsideras la signojn de la alvenonta Tago kiel alegoriajn, kaj kiu predikas doktrinon herezan laŭ karaktero kaj detruan por la plej bonaj dogmoj de ortodoksa Islámo."

Ju pli laŭtiĝis iliaj bruego kaj protestoj, des pli firmiĝis la decido de Siyyid Káẓim daŭrigi sian mision kaj plenumi sian komision. Li skribis epistolon al Shaykh Aḥmad, en kiu li prezentis detale la kalumniojn, kiujn oni eldiris kontraŭ li, kaj konatigis lin kun la karaktero kaj amplekso de ilia kontrŭstaro. En ĝi li permesis al si demandi, kiel longe li estas destinita submetiĝadi al la necedema fanatikeco de obstina kaj malklera popolo, kaj petis esti informita pri la tempo, kiam la Promesito estos malkaŝita. Al ĉi tio Shaykh Aḥmad respondis, *„Estu certigita pri la favoro de Via Dio. Ne malĝoju pro iliaj faroj. La mistero de ĉi tiu Afero devos esti malkaŝita, kaj la sekreto de ĉi tiu Revelacio devos esti malsekretigita.*[30] *Mi povas diri nenion plu, mi povas determini nenian tempon. Lia Afero estos sciigita post* ḥín.[31] *»Ne demandu min pri aferoj, kiuj, se ili estus malkaŝitaj al vi, nur dolorigus vin.«"*

Kiel granda, kiel ege granda, estas Lia Afero, ke tiaj vortoj, kaj ĉi tiuj, estus alparolitaj eĉ al tiel altspirita eminentulo, kiel Siyyid Káẓim! Ĉi tiu respondo de Shaykh Aḥmad donis konsolon kaj forton al la koro de Siyyid Káẓim, kiu, kun duobligita decido, daŭrigis kontraŭbatali la atakon de enviema kaj insidema malamiko.

Shaykh Aḥmad mortis tuj poste,[32] en la jaro 1242 p. H., en la aĝo de okdek unu jaroj, kaj estis enterigita en la tombejo de Baqí`,[33] en la apudeco de la ripozejo de Mahometo en la sankta urbo Medino.

## *Ĉapitro II*
## *La Misio de Siyyid Káẓim-i-Rashtí.*

La Novaĵo pri la morto de lia amata majstro okazigis al la koro de Siyyid Káẓim neesprimeblan malĝojon. Inspirita per la verso en la Korano, *„Volonte ili estingus la lumon de Dio per sia buŝoj, sed Dio nur deziras perfektigi sian lumon, eĉ se la malfideluloj malŝategas ĝin"*, li leviĝis kun neflankiĝanta intenco por plenigi la taskon, kiun Shaykh Aḥmad komisiis al li. Post la forpreno de tiel eminenta protektanto, li trovis sin viktimo pro la kalumniaj langoj kaj senkompata malamikeco de la ĉirkaŭaj homoj. Ili atakis lin, mokis liajn instruojn kaj insultis lian nomon. Je la instigo de potenca kaj malbonfama ŝiana ĉefo, Siyyid Ibráhím-i-Qazvíní, la malamikoj de Siyyid Káẓim interligiĝis kaj decidis pereigi lin. Sekve de tio Siyyid Káẓim elpensis rimedon por akiri la subtenon kaj bonvolon de unu el la plej timigaj kaj elstarantaj ekleziaj altranguloj en Persujo, la glora ḥájí Siyyid Muḥammad Báqir-i-Rashtí, kiu loĝis en Iṣfáhán, kaj kies aŭtoritato etendiĝis malproksimen ekster la limoj de tiu urbo. Ĉi tiu amikeco kaj kunsento, opiniis Siyyid Káẓim, ebligus al li daŭrigi sian agemon nemalhelpite kaj pli multe altigus al influon, kiun li uzis sur siajn disĉiplojn. *„Ke unu el vi"*, oni ofte aŭdis lin diri al siaj sekvantoj, *„povu leviĝi, kaj kun plena sindediĉo, vojaĝi al* Iṣfáhán *kaj transdoni por mi la jenan komunikon al tiu klera* Siyyid*: »Pro kio vi komence montris tiajn rimarkindajn respekton kaj korinklinon al la mortinta* Shaykh Aḥmad*, kaj nun vi subite apartiĝis de lia elektita disĉiplaro? Pro kio vi forlasis nin al la malkompato de niaj kontraŭuloj?« Ke tia komisiito, konfidante Dion, povu leviĝi por solvi kiajn ajn misterojn konfuzas la animon de tiu klera* Siyyid*, kaj dispeli tiajn dubojn, kiuj verŝajne forigis lian kunsenton. Ke li povu akiri de li deklaron solenan por atesti la senduban aŭtoritaton de* Shaykh Aḥmad *kaj la verecon kaj raciecon de liaj instruoj. Akirinte tian ateston, ke li ankaŭ povu viziti* Mashhad*on kaj tie akiri similan ateston de* Mírzá `Askarí*, la plej eminenta eklezia ĉefo en tiu sankta urbo, kaj tiam, plenuminte sian mision, reveni triumfe tien ĉi."* Foje kaj ree Siyyid Káẓim trovis okazon por ripeti sian alvokon. Neniu, tamen, kuraĝis respondi al lia peto krom certa Mírzá Muḥít-i-Kirmání, kiu deklaris sin preta entrepreni tiun ĉi mision. Al li Siyyid Káẓim respondis: *„Atentu, ke vi ne tuŝu la voston de la leono. Ne malgrandigu la subtilecon*

---

[29] "La Őieliro" de Mahometo.

[30] Báb mem aludas al ői tiu diraŕo, kaj certigas ăin en la „Dalá'il-i-Sab`ih": "La vortoj de la respektegita Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í estas konataj. Nu, estas sennombraj sciigoj pri la Malkaěanto. Ekzemple, li skribis per sia propra mano al Siyyid Káýim-i-Rašľtí: »Same kiel necesa estas terspaco por konstrui domon, tiel necesas, ke la momento prezentu sin por tiu Malkaěanto. Sed nuntempe oni ne povas doni respondon determinatan tiun tempon. Baldaů oni scios ăin certmaniere.« Tio, kion vi aůdis tiel ofte de Siyyid Káýim, őu tio ne estas klarigo? Őu li ne ripetadis konstante: »Vi ne volas, do, ke mi foriru, kaj ke Dio aperu?«" ("La Libro de Sep Pruvoj," tradukita de A. L. M. Nicolas, p. 58.) "Estas ankaů anekdoto pri Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í, survoje al. Mekko. Estas atestite, ke ői tiu anekdoto estas aůtentika, kaj de tiam ăi estas certaŕo. Kelkaj disőiploj de la mortinto rakontis la diraŕon, kiun ili aůdis, kaj inter ili troviăis tiaj eminentuloj kiel Mullá `Abdu'l-Ňľáliq kaj Murtađa-Qulí. Mullá `Abdu'l-Ňľáliq rakontas, ke unu tagon la Šľayňľ diris al ili: »Preău, ke vi ne troviău je la alveno de la Malkaěanto kaj de la Reveno, őar estos multaj enlandaj militoj.« Li aldonis: »Se iu el vi ăisvivos tiun tempon, li vidos strangajn aferojn inter la jaroj 60 kaj 67. Kaj kiu stranga afero povos esti pli stranga, ol la Ekzisto mem de la Malkaěanto. Vi estos tie kaj vi vidos alian eksterordinaran faron. Tio estas, ke Dio, por triumfigi tiun Malkaěanton, starigos Homestaŕon, kiu parolos de si mem, ne lerninte ion ajn de aliaj.«" (Ibid., pp. 59-60.)

[31] Laů la Abjada cifersistemo, la nombra valoro de la vorto "ḥín" estas 68. Estis en la jaro 1268 p. H., ke Bahá'u'lláh, dum li estis malliberigita en la Síyáh-Čľál de ţihrán, ricevis la unuajn eksciigojn pri sia Dia Misio. Pri tio Li aludis en la odoj, kiujn Li revelaciis en tiu jaro.

[32] Li mortis en la loko nomita ḥaddih, en la őirkaůaŕo de Medino. („Disertacio pri Šľayňľismo," I, p. 60, de A. L. M. Nicolas.)

[33] "Lia kadavro estis portita en Medinon kaj estis enterigita en la tombejo de Baqí, malantaů la muro de la kupolo de la Profeto, sudaflanke, sub la gutejo de Miḥráb. Oni diras, ke tie ankaů troviăas la tombo de Fátimih, kontraů la Baytu'l-ḥazan." („Disertacio pri Šľayňľismo," I, pp. 60-61, de A. L. M. Nicolas.) "La morto de Šľayňľ Aḥmad haltigis dum kelkaj tagoj batalon, kaj la pasioj ěajnis kvietiăi. Cetere, estis en ői tiu epoko, ke Islámo ricevis teruran baton kaj ăia potenco estis rompita. La rusa imperiestro venkis la mahometanajn naciojn, kaj la plejmulto el la provincoj havantaj homojn de tiu ői religio, enfalis en la manojn de la rusa armeo." („Disertacio pri Šľayňľismo," II, p. 5, de A. L. M. Nicolas.) Aliflanke, oni pensis, ke, kun la morto de Šľayňľ Aḥmad, lia doktrino malaperis kun li por őiam, kaj paco daůris dum du jaroj. Sed la mahometanoj revenis rapide al. siaj unuaj sentoj, tuj kiam ili vidis, ke la doktrina lumo de la mortinto ankoraů brilegas sur la mondon, dank' al Siyyid Káýim-i-Rašľtí, la plej bona, la plej fidela disőiplo de Šľayňľ Aḥmad, kaj lia posteulo." (Ibid., pp. 5-6.)

*kaj malfacilecon de tia misio."* Tiam, direktante sin al sia junula disĉiplo, Mullá ḥusayn-i-Bushrú'í, Bábu'l-Báb,[34] li alparolis lin per la jenaj vortoj: *„Leviĝu kaj plenumu tion ĉi mision, ĉar mi deklaras vin kapabla fari tiun ĉi taskon. La Ĉiopova afable helpos vin kaj prosperigos viajn penojn."*

Mullá ḥusayn ĝoje ekstariĝis, kisis la borderon de la vesto de sia instruanto, solene promesis sian lojalecon al li, kaj tuj ekvojiris. Kun plena sindediĉo kaj nobla decido li ekiris por atingi sian celon. Alveninte en Iṣfáhánon, li tuj serĉis la ĉeeston de la klera Siyyid. Malriĉe vestita kaj kovrita de polvo provoja, li aperis, sensignifa kaj negrava, inter la granda kaj riĉevestita aro de disĉiploj de tiu eminenta ĉefo. Nerimarkite kaj sentima, li alpaŝis al loko, kiu frontis la sidejon okupatan de tiu glora instruanto. Alvokante al sia helpo la tutan kuraĝon kaj konfidon, per kiuj la instruoj de Siyyid Káẓim inspiris lin, li diris al ḥájí Siyyid Muḥammad-i-Báqir la jenajn vortojn: *„Aŭskultu, ho Siyyid, al miaj vortoj, ĉar respondo al mia peto certigos la sendanĝerecon de la Kredo de la Profeto de Dio, kaj rifuzo pripensi mian komunikon kaŭzos al ĝi doloran malutilon."* Ĉi tiuj maltimemaj kaj kuraĝaj vortoj, eldiritaj rekte kaj potence, mirige impresis la Siyyidon. Li subite interrompis sian konversacion, kaj ignorante sian aŭdantaron, aŭskultis atentege al la komuniko, kiun ĉi tiu nekonata vizitanto alportis. Liaj disĉiploj, mirigitaj pro ĉi tiu eksterordinara konduto, riproĉis tiun ĉi neatenditan entrudulon kaj denuncis liajn malhumilajn pretendojn. Kun treega ĝentileco, per firmaj kaj noblaj vortoj, Mullá ḥusayn aludis al iliaj malĝentileco kaj vanteco, kaj esprimis surprizon pri iliaj aroganteco kaj fanfaronemo. La Siyyid estis tre kontentigita pri la sinteno kaj rezonado, kiujn la vizitanto tiel imprese elmontris. Li bedaŭregis kaj pardonpetis pro la nedeca konduto de siaj propraj disĉiploj. Por kompensi pri ilia sendankeco, li montris ĉian imageblan bonvolon al tiu junulo, certigis lin pri lia subtenado kaj petis lin eldiri sian komunikon. Sekve de tio Mullá ḥusayn sciigis lin pri la naturo kaj celo de la misio, je kiu li estis komisiita. Al ĉi tio la klera Siyyid respondis: *„Ĉar komence ni kredis, ke Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim ambaŭ estis instigitaj per nenia deziro krom antaŭenigi la kaŭzon de scio kaj protekti la sanktan solidarecon de la Kredo, ni sentis nin instigitaj transdoni al ili nian plej koran subtenon kaj laŭdegi iliajn instruojn. Pli poste, tamen, ni rimarkis en iliaj verkoj tiel multajn konfliktajn deklarojn kaj malklarajn kaj misterajn aludojn, ke ni opiniis, ke estus konsilinde silenti kelkatempe kaj deteni aŭ malaprobon aŭ aplaŭdon."* Al ĉi tio Mullá ḥusayn respondis: *„Mi nur bedaŭregas tian silentadon viaparte, ĉar mi certe kredas, ke temas pri perdo de bonega okazo por antaŭenigi la aferon de la Vero. Apartenas al vi prezenti precize tiajn eltiraĵojn el iliaj verkoj, kiaj ŝajnas al vi esti misteraj aŭ malakordaj kun la instruoj de la Kredo, kaj per la helpo de Dio mi entreprenos klarigi ilian veran signifon."* La ekvilibro, la digno kaj konfido, kiuj karakterizis la konduton de ĉi tiu neatendita komisiito, multe impresis ḥájí Siyyid Muḥammad-Báqiron. Li petis lin ne urĝi la aferon nuntempe, sed atendi ĝis alia tago, kiam, dum privata interparolo, li povu sciigi lin pri siaj propraj duboj kaj senfidoj. Mullá ḥusayn, tamen, sentante, ke prokrasto povus pruviĝi malutila al la afero, kiun li ameme gardas, petis tuajn konferencon kun li pri la gravaj problemoj, kiujn li sentis sin instigita kaj kapabla solvi. La Siyyid kortuŝiĝis ĝis larmoj pro la junula entuziasmo, la sincereco kaj serena konfido, kiujn la vizaĝo de Mullá ḥusayn tiel admirinde atestis. Li tuj havigis al si kelkajn verkojn d Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim, kaj komencis demandi Mullá ḥusaynon pri tiuj eltiraĵoj, kiuj ekscitis liajn malaprobon kaj surprizon. Al ĉiu aludo la komisiito respondis kun karakteriza energio, kun majstra kompreno kaj deca modesteco.

Tiamaniere, en la ĉeesto de la disĉiplaro, li daŭrigis klarigi la instruojn de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim, pravigi ilian verecon kaj defendi ilian kaŭzon, ĝis la horo, kiam la muezino, vokante la kredantojn al la preĝo, subite interrompis la fluon de lia diskuto. La sekvintan tagon, en la ĉeesto de granda kaj reprezenta kunsidantaro, kaj starante antaŭ la Siyyid, li sammaniere rekomencis sian elokventan defendon de la alta misio komisiita de ĉiopova Providenco al Shaykh Aḥmad kaj lia posteulo. Profunda silento ekkaptis lian aŭdantaron. Ili ekmiregis pri la konvinko de lia rezonado kaj la stilo kaj maniero de lia esprimado. La Siyyid publike promesis, ke la sekvontan tagon li mem eldonos subskribitan ateston, en kiu li konfesos la eminentecon de la postenoj okupataj de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim, kaj ke li proklamos tiun, kiu deflankiĝus de ilia vojo, kiel deflankiĝinton de la Kredo de la Profeto mem. Li ankaŭ atestos ilian penetran sagacecon kaj ilian seneraran kaj profundan komprenon pri la misteroj, kiujn la Kredo de Mahometo sanktigas. La Siyyid plenumis sian promeson, kaj propramane li skribis la promesitan deklaraĵon. Li skribis detale, kaj en sia atesto li laŭdis la karakteron kaj klerecon de Mullá ḥusayn. Li skribis arde pri Siyyid Káẓim, pardonpetis pro sia antaŭa sinteno kaj esprimis la esperon, ke estonte li povos kompensi pro sia pasinta kaj bedaŭrinda konduto al li. Li mem legis al siaj disĉiploj la tekston de ĉi tiu atesto, kaj transdonis ĝin al Mullá ḥusayn, rajtigante lin konfidi ĝian enhavon al kiu ajn li deziros, por ke ĉiuj sciu la grandon de lia sindono al Siyyid Káẓim.

Tuj kiam Mullá ḥusayn foriris, la Siyyid komisiis unu el siaj fidindaj servantoj, ke li iru post la vizitinto kaj trovu la lokon, kie li loĝas. La servanto postiris lin al modesta konstruaĵo, kiu utilis kiel madrisih,[35] kaj vidis, ke li eniras ĉambron, kiu, krom eluzita mato, kiu kovris ĝin plankon, estis senmebla. Li observis, kiel li alvenis, dankopreĝis al Dio, kaj kuŝiĝis sur tiun maton kun nenio por kovri sin krom sia `aba.[36] Raportinte al sia mastro ĉion, kion li observis, la

---

[34] Li estis la unua kredanto je Báb, kiu donis al li tiun titolon.

[35] „La madrisihoj aů persaj kolegioj estas tute sub la direktado de la pastraro, kaj estas kelkaj en őiu granda urbo. Ili ăenerale konsistas el korto őirkaůita de konstruaŕoj, kiuj entenas őambrojn por studentoj kaj profesoroj, kun pordo unuflanke; kaj ofte estas ăardeno kaj puto en la centro de la korto... Multaj el la madrisihoj estas fonditaj kaj dotitaj de reăoj aů piuloj." („Ăenerala Skizo pri la Historio de Persujo", p. 365, de C.R. Markham.)

[36] malstrikta survesto, simile al mantelo, ăenerale fabrikita el kamelětofo.

servanto denove estis komisiita liveri al Mullá ḥusayn la sumon de cent túmánoj,[37] kaj esprimi la sinceran pardonpeton de sia mastro pro lia senpovo gastigi tian rimarkindan komisiiton tiel, kiel decas al lia posteno. Al ĉi tiu propono Mullá ḥusayn sendis la jenan respondon: *„Diru al via mastro, ke lia vera donaco al mi estas la justemo, kun kiu li akceptis min, kaj la senantaŭjuĝemo, kiu, spite de lia alta rango, instigis lin respondi al la komuniko, kiun mi, humila fremdulo, alportis al li. Redonu tiun ĉi monon al via mastro, ĉar mi, kiel komisiito, petas nenian rekompencon. »Ni nutras viajn animojn pro Dio; ni petas de vi nek rekompencon nek dankon«.*[38] *Mia preĝo por via mastro estas, ke surtera ĉefeco neniam malhelpu al li konfesi kaj atesti la Veron."*[39] ḥájí Siyyid Muḥammad-Báqir mortis antaŭ la jaro sesdek p.H., la jaro, kiu vidis la naskiĝon de la Kredo proklamita de Báb. Ĝis sia lasta momento li restis fidela subtenanto kaj fervora admiranto de Siyyid Káẓim.

Plenuminte la unuan parton de sia misio, Mullá ḥusayn ekspedis tiun ĉi skribitan ateston de ḥájí Siyyid Muḥammad-Báqir al sia majstro en Karbilá, kaj direktis siajn paŝojn al Mashhad, decidinte transdoni laŭ sia plej bona kapablo la komunikon, kiun li estis komisiita doni al Mírzá `Askarí. Tuj kiam la letero, kiu entenis la skribitan deklaraĵon de la Siyyid, estis transdonita al Siyyid Káẓim, ĉi tiu ĝojegis tiel, ke li tuj sendis al Mullá ḥusayn sian respondon, esprimante sian dankestimon pro la modela maniero, laŭ kiu li plenumis sian komision. Tiel plaĉis al li la respondo, kiun li ricevis, ke, interrompante sian prelegon, le laŭtlegis al siaj disĉiploj kaj la leteron de Mullá ḥusayn kaj la skribitan ateston entenatan en tiu letero. Li poste konfidis al ili la epistolon, kiun li mem estis skribinta al Mullá ḥusayn kiel ateston pri la rimarkinda servo, kiun ĉi tiu faris al li. En ĝi Siyyid Káẓim tiel arde laŭdis lian altan scion, liajn kapablon kaj karakteron, ke kelkaj el tiuj, kiuj aŭdis ĝin, suspektis, ke Mullá ḥusayn estas tiu Promesito al kiu ilia majstro senĉese aludas, la Promesito, kiu, laŭ lia oftega deklaro, vivas inter ili mem kaj tamen restas neekkonata de ili ĉiuj. Tiu komuniko urĝe konsilis al Mullá ḥusayn timon al Dio, instigis, ke li estimu ĝin kiel la plej potencan instrumenton por rezisti la ekatakon de la malamiko kaj la distingilon de ĉiu vera sekvanto de la Kredo. Ĝi estis esprimata per tiaj vortoj de amema korinklino, ke neniu, kiu legis ĝin, povis dubi, ke la skribinto adiaŭas sian amatan disĉiplon, kaj ke li havas nenian esperon iam ajn renkonti lin denove en ĉi tiu mondo.

En tiuj tagoj Siyyid Káẓim pli kaj pli sentis la alproksimiĝon de la Horo, en kiu la Promesito estos malkaŝita.[40] Li konstatis, kiel densaj estas tiuj vualoj, kiuj malhelpas, ke la serĉadantoj ekkomprenu la gloron de la kaŝita malkaŝanto. Tial li pleje penis por forigi iom post iom, zorgeme kaj saĝe, tiujn malhelpilojn, kiuj kontraŭstarus la plenan ekkonon pri tiu kaŝita Trezoro de Dio. Ofte li instigis, ke liaj disĉiploj atentu, ke Tiu, kies alvenon ili atendas, venos nek de Jábulqá nek de Jábulsá.[41] Li eĉ aludis al Lia ĉeesto inter ili mem. *„Vi vidas Lin per viaj propraj okuloj"*, li ofte rimarkis, *„kaj tamen vi ne ekkonas Lin!"* Al siaj disĉiploj, kiuj demandis lin pri la signoj de la Malkaŝanto, li diris: *„Li estas de nobela deveno. Li estas ido de la Profeto de Dio, de la familio Háshim. Li estas juna, kaj posedas ennaskitan komprenon. Lia klereco devenas ne de la instruoj de Shaykh Aḥmad, sed de Dio. Mia kompreno estas nur guto kompare kun la vasteco de Lia kompreno; la tutaĵo de mia scio estas polvero kontraŭ la mirindaĵoj de Lia korfavoro kaj povo. Ne, supermezura estas la diferenco. Li estas mezkreska, detenas sin de fumado, kaj estas treege religia kaj pia."*[42] Certaj el la disĉiploj de la Siyyid, malgraŭ la atestoj de sia majstro, kredis, ke li estas la Promesito, ĉar en li ili rekonis la signojn, al kiuj li aludas. Inter ili estis certa Mullá Mihdíy-i-Khu'í, kiu kuraĝis publike esprimi tiun ĉi kredon. Sekve de kio la Siyyid forte koleris, kaj estus elpelinta lin el sia elektita disĉiplaro, sed li pardonpetis kaj pentis pro sia faro.

Shaykh ḥasan-i-Zunúzí mem informis min, ke li ankaŭ havis tiajn dubojn, ke li preĝis al Dio, ke, se lia supozo pruviĝas vera, li estu certigita pri sia kredo, kaj se ne, ke li estu liberigita de tia senutila fantazio. *„Mi tiel malkvietiĝis"*, li foje rakontis al mi, *„ke dum multaj tagoj mi povis nek manĝi nek dormi. Miajn tagojn mi pasigis en servado al Siyyid Káẓim, por kiu mi sentis grandan korinklinon. Unu tagon, je tagiĝo, mi estis subite vekita de Mullá Naw-rúz, unu el liaj intimaj servantoj, kiu en granda ekscitiĝo petis, ke mi leviĝu kaj sekvu lin. Ni iris al la domo de Siyyid Káẓim, kie ni trovis lin plenevestita, portanta sian `abáon, kaj preta forlasi sian hejmon. Li petis, ke mi akompanu lin. »Altestimata kaj eminenta Persono«, li diris »ĵus alvenis. Mi sentas ke ni ambaŭ devas viziti Lin.« la taglumo ĵus montriĝis, kiam mi trovis min iranta kun li tra la stratoj de Karbilá. Ni baldaŭ atingis domon, ĉe kies pordo staris Junulo, kvazaŭ Li*

---

[37] Ăi egalvaloras proksimume cent dolarojn, kiu estis granda sumo en tiu tempo.

[38] Korano, 76:9

[39] Báb, en la „Dalá'il-i-Sab`ih", aludas al Mullá ḥusayn per la jenaj vortoj: „Vi scias, kiu estas la unua atestinto de ői tiu Kredo. Vi scias, ke la pli granda parto de la doktoroj de la šľayňľa, siyyida, kaj aliaj sektoj admiris liajn komprenon kaj talenton. Kiam li eniris Iṣfáhánon, la urbaj buboj kriis őe lia trairo: »Ha! Ha! Rus alvenis őifonvestita studento!« Nu, ői tiu homo, per siaj pruvoj kaj argumentoj, konvinkis unu Siyyidon, kiu posedas profundan scion: Muḥammad-Báqir! Vere! Tio estas unu el la pruvoj de ői tiu malkaěanto, őar, post la morto de la Siyyid, tiu eminentulo iris vidi la plimulton el la islámaj doktoroj kaj trovis la veron nur őe la Majstro de la Vero; estis tiam, ke li atingis la sorton destinitan por li. Vere! La kreitoj de la komenco kaj de la fino de ői tiu Maklaěanto envias kaj envios lin ăis la Juăotago. Kaj kiu, do, povas kulpigi tiun majstron de kompreno pri spirita enkapableco kaj senkonstanteco?" („La Libro de la Sep Pruvoj", tradukita de A.L.M. Nicholas, p. 54.)

[40] Tiurilate Báb revelaciis la jenon en la „Dalá'il-i-Sab`ih", „Tio, kion li diris ankoraů őe sia lasta vojaăo, kion vi mem aůdis, őu oni ne rakontas ăin? Kaj la historio pri Mírzá Muḥammad-i-Aňľbárí, kiun rakontas `Abdu'l-ḥusayn-i-Šľušľtarí? Unu tagon, estante en Káýimayn, Mírzá Muḥammad-i-Aňľbárí demandis al la respekteginda Siyyid, kiam malkaěos sin la Imám? La Siyyid trarigardis la őeestantaron kaj diris al li: »Vi mem vidos lin.« Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Haraví ankaů rakontis al li tiun ői historion en Iṣfáhán." („La Libro de la Sep Pruvoj", tradukita de A.L.M. Nicolas, p. 58)

[41] Vidu la citaĭon őe la komenco de la libro, pri „Distingiloj de Ěiana Islámo".

[42] „Ěajnas esti konvinka pruvo, ke, dum siaj lastaj jaroj, Siyyid Káýim atentigis pri la dia Malkaěanto, kiun li kredis esti proksime. Li ěatis diri, »Mi vidas lin kiel la leviăantan sunon«" („La Interkonsentiăo de Gentoj kaj Religioj", p. 19 de d-ro T.K. Cheyne.)

*atendas akcepti nin. Li portis verdan trubanon, kaj Lia vizaĝo montris tian mienon de humileco kaj bonvolo, kian mi neniam povos priskribi. Silento Li alproksimiĝis al ni, etendis siajn brakojn al* Siyyid Káẓim*, kaj ameme ĉirkaŭprenis lin. Lia afableco kaj bonkoreco strange kontrastis la senton de profunda respektego, kiu karakterizis la sintenadon de* Siyyid Káẓim *al li. Senparole kaj kapoklinite, la* Siyyid *akceptis la multajn esprimojn de korinklino kaj estimo, per kiuj tiu Junolo salutis lin. Baldaŭ Li kondukis nin al la supra etaĝo de tiu domo, kaj ni eniris ĉambron ornamitan per floroj kaj odorantan la plej belan parfumon. Li petis, ke ni sidiĝu. Ni ne sciis, tamen, kiujn sidejojn ni efektive okupis, tiel subiga estis la ĝojsento, kiu ekkaptis nin. Meze de la ĉambro ni rimarkis arĝentan pokalon, kiun nia juna Gastiganto superplenigis tuj post kiam ni sidiĝis, kaj transdonis ĝin al* Siyyid Káẓim*, dirante: »Puran trinkaĵon ilia Sinjoro donos al ili«.*[43] Siyyid Káẓim *tenis la pokalon ambaŭmane kaj trinkegis ĝin. Sento de respektega ĝojo plenigis lin, sento, kiun li ne povis kaŝi. Mi ankaŭ ricevis plenpokalon de tiu trinkaĵo, kvankam neniuj vortoj estis parolataj al mi. Ĉio, kio estis dirita ĉe tiu memorinda kunveno, estis la suprecitita verso el la Korano. Tuj poste, la Gastiganto stariĝis, kaj irante kun ni ĝis la sojlo de la domo, adiaŭis nin. Mi silentis pro miro, kaj ne sciis, kiel esprimi la korecon de Lia bonvenigo, la dignon de Lia mieno, la ĉarmon de tiu vizaĝo, kaj la plezurigan bonodoron de tiu trinkaĵo. Kiel granda estis mia mirego, kiam mi vidis, ke mia instruanto, sen ia ajn hezito, trinkegas tiun sanktan trinkaĵon el arĝenta pokalo, kies uzo, laŭ la* Islám*aj instruoj, estas malpermesita al la kredantoj. Mi ne povis klarigi la motivon, kiu igis, ke la* Siyyid *elmontru tiel profundan respektegon en la ĉeesto de tiu Junulo – respektegon, kiun eĉ la ekvido de la sanktejo de la* Siyyidu'sh-Shuhadá' *malsukcesis eksciti. Tri tagojn poste, mi vidis, ke tiu sama Junulo alvenas kaj sidiĝas meze de la kunsidantaj disĉiploj de* Siyyid Káẓim*. Li sidis proksime al la sojlo, kaj kun la sama modesteco kaj digno de mieno li aŭskultis al la parolado de la* Siyyid*. Tuj kiam liaj okuloj ekvidis tiun Junulon, la* Siyyid *ĉesis sian paroladon kaj silentis. Sekve de kio unu el liaj disĉiploj petis, ke li rekomencu la de si nefinitan rezonadon. »Kion mi aldiru?« respondis* Siyyid Káẓim*, direktante sin al* Báb*. »Jen, la Vero estas pli evidenta, ol la lumradio, kiu surmetiĝis sur tiujn genuojn!« Mi tuj rimarkis, ke la radio, al kiu la* Siyyid *aludas, surmetiĝis sur la genuojn de tiu sama Junulo, kiun ni vizitis antaŭ nelonge. »Pro kio«, tiu demandanto demandis, »vi nek malkaŝas Lian nomon nek identigas Lian personon?« Responde al tio, la* Siyyid *fingromontris al sia propra gorĝo, signifante, ke se li malsekretigus Lian nomon, ili ambaŭ estus tuj mortigitaj. Tio ankoraŭ pligrandigis mian konfuzon. Mi jam aŭdis, kiel mia instruanto rimarkis, ke tiel granda estas la obstinego de ĉi tiu generacio, ke, se li montrus per la fingro al la Promesito kaj dirus: »Li vere estas la Amato, la Deziro de viaj koroj kaj de la mia«, oni ankoraŭ ne ekkonus kaj akceptus Lin. Mi vidis, kiel la* Siyyid *efektive atentigas per la fingro la lumradion, kiu surmetiĝis sur tiujn genuojn, kaj tamen neniu inter tiuj, kiuj ĉeestis, ŝajnis ekkompreni ĝian signifon. Miaparte mi konvinkiĝis, ke la* Siyyid *mem neniam povus esti la Promesito, sed ke mistero neklarigebla al ni ĉiuj estas kaŝita en tiu stranga kaj alloga Junulo. Kelkfoje mi permesis al mi iri al* Siyyid Káẓim *kaj serĉi de li klarigon de tiu mistero. Ĉiam, kiam mi iris al li, ekkaptis min sento de sankta timo, kiun lia personeco tiel potence inspiris. Ofte mi aŭdis lin diri: »Ho* Shaykh ḥasan*, ĝoju, ke via nomo estas* ḥasan *(laŭdinda);* ḥasan *estis via komenco, kaj* ḥasan *estos via fino. Vi estis privilegiita ĝisvivi la tempon de* Shaykh Aḥmad*, vi intime kunestis kun mi, kaj en la estonto estos via netaksebla ĝojo vidi „tion, kion la okuloj ne vidis, la orelo ne aŭdis, nek la koro imagis"«*

*Ofte mi sentis instigon sole serĉi la ĉeeston de tiu* Háshimida *Junulo kaj peni sondi Lian misteron. Mi observis Lin kelkfoje dum Li staris preĝeme ĉe la pordo de la sanktejo de la* Imám ḥusayn*. Li tiel pie enpesiĝis, ke Li ŝajnis tute forgesi tiujn, kiuj apudestis Lin. Larmoj fluis el Liaj okuloj, kaj el Liaj lipoj aŭdiĝis tiel gloraj kaj laŭdaj vortoj de tiaj potenco kaj belo, kiun eĉ la plej noblaj eltiraĵoj el nia sankta Skribo ne povus superi. La vortoj »Ho Dio, mia Dio, mia Amato, mia Kordeziro« estis eldirataj tiel ofte kaj arde, ke tiuj vizitantaj pilgrimantoj, kiuj staris sufiĉe proksime por aŭdi Lin, instinkte interrompis siajn preĝojn kaj miris pri la signoj de pieco kaj respektego, kiujn tiu junula vizaĝo aperigis. Same kiel Li, ili kortuŝiĝis ĝis larmoj kaj de Li ili lernis la lecionon de vera adorado. Plenuminte siajn preĝojn, tiu Junulo, kiu ne transiris la sojlon de la sanktejo kaj ne parolis iajn vortojn al la homoj ĉirkaŭ Li, silente reiris en sian hejmon. Mi sentis impulson alparoli Lin, sed ĉiam, kiam mi permesis al mi aliri, detenis min forto, kiun mi povis nek klarigi nek rezisti. Miaj demandoj pri Li eltiris la informojn, ke Li estas loĝanto de* Shíráz*, ke Li estas komercisto laŭ profesio, kaj ke Li ne apartenas al iuj el la ekleziaj klasoj. Plie mi informiĝis, ke Li, kaj ankaŭ Liaj onkloj kaj parencoj, estas inter la amantoj kaj admirantoj de* Shaykh Aḥmad *kaj* Siyyid Káẓim*. Tuj poste mi sciiĝis, ke Li foriris al* Najaf *survoje al* Shíráz*. Tiu Junulo ekbruligis mian koron. La memoro de tiu spektaklo obsedis min. Mia animo unuiĝis al la Lia ĝis la tago, kiam atingis miajn orelojn alvoko de Junulo el* Shíráz*, sin proklamante esti* Báb*. Tuj mi ekkonstatis, ke tia persono povus esti neniu alia, ol precize tiu sama Junulo, kiun mi vidis en* Karbilá*, la Junulo de mia kordeziro.*

*Kiam pli poste mi vojaĝis el* Karbilá *al* Shíráz*, mi trovis, ke Li ekpilgrimis al Mekko kaj Medino. Mi renkontis Lin je Lia reveno, kaj malgraŭ multaj malhelpoj, mi penis resti apud Li. Kiam poste Li estis enkarcerigita en la fortikaĵo de* Máh-Kú *en la provinco* Adhirbáyján*, mi okupis min je la transskribo de la versoj, kiujn Li diktis al sia diktaskribisto. Ĉiunokte dum naŭ monatoj, kiam Li estis malliberulo en tiu fortikaĵo, post kiam Li plenumis sian vesperpreĝon Li revelaciis komentarion pri* juz'[44] *de la Korano. Tiel plenumiĝis, je la fino de ĉiu monato, komentario pri tiu tuta sankta Libro. Dum sia enkarceriĝo en* Máh-Kú *Li revelaciis naŭ komentariojn pri la tuta Korano. La tekstoj de tiuj*

[43] Korano 76:21

[44] Juz' estas unu tridekono de la Korano.

*komentarioj estis alkonfiditaj al certa Siyyid Ibráhím-i-Khalíl en Tabríz, kiu estis komisiita kaŝi ilin ĝis venus la tempo por ilia publikigado. Ilian sorton ĝis nun oni ne scias.*

*Rilate al unu el ĉi tiuj komentarioj, Báb foje demandis min: »Kiun vi preferas, ĉu tiun ĉi komentarion, kiun Mi revelaciis, aŭ la Aḥsanu'l-Qiṣaṣ, Mia antaŭa komentario pri la Súrih de Jozef? El ili, kiu estas la plej bona, laŭ via opinio?« »Al mi,« mi respondis, »la Aḥsanu'l-Qiṣaṣ ŝajnas esti dotita per pli grandaj potenco kaj ĉarmo.« Li ridetis je mia rimarko kaj diris: »Vi ankoraŭ ne kutimiĝis al la tono kaj signifo de ĉi tiu nova komentario. La en ĝi konservata vero pli rapide kaj efektive ebligos la serĉadanton atingi la celon de sia serĉo.«*

*Mi restadis apud Li ĝis tiu granda batalo de Shaykh ṭabarsí. Kiam Li sciiĝis pri tiu okazintaĵo, Báb ordonis, ke ĉiuj Liaj kunuloj rapidu al tiu loko kaj donu ĉian eblan helpon al Quddús, Lia heroa kaj eminenta disĉiplo. Parolante al mi unu tagon, Li diris: »Se ne estus pro Mia enkarceriĝo en la Jabal-i-Shadíd, la fortikaĵo de Chihríq, estus Mia devo persone helpi mian amatan Quddúson. Partopreno en tiu batalo ne estas konsilata al vi. Iru al Karbilá kaj restadu en tiu sankta urbo, ĉar estas destinite al vi vidi per viaj propraj okuloj la belan vizaĝon de la promesita ḥusayn. Dum vi rigardados tiun brilan vizaĝon, memoru ankaŭ Min. Transdonu al Li la esprimon de Mia amema sindono.« Li denove emfaze aldiris al jenajn vortojn: »Vere Mi diras, mi komisias al vi grandan mision. Atentu, ke via koro ne malfortiĝu, ke vi ne forgesu la gloron, kiun Mi donis al vi.«*

*Tuj poste mi vojaĝis al Karbilá kaj loĝis, kiel ordonite, en tiu sankta urbo. Timante, ke mia restado en tiu pilgrimcentro povus eksciti suspekton, mi decidis edziĝi. Mi ekgajnis vivrimedojn kiel skribisto. Kiaj afliktoj okazis al mi pro la shaykhanoj, tiuj, kiuj deklaris sin kiel sekvantojn de Shaykh Aḥmad kaj tamen tute ne ekkonis Bábon! Atentante la konsilojn de tiu amata Junulo, mi pacience submetiĝis al la ofendaĵoj trudataj al mi. Du jarojn mi loĝis en tiu urbo. Dume tiu sankta Junulo estis prenita el sia surtera malliberejo, kaj per sia martiriĝo Li estis liberigita de la kruelegaĵoj, kiuj persekutis la lastajn jarojn de Lia vivo.*

*Dekses lunaj monatoj malpli dudek kaj du tagoj forpasis de la martiriĝa tago de Báb, kiam, en la tago `Arafih,*[45] *en la jaro 1267 p.H.,*[46] *dum mi preterpasis la pordon de la interna korto de la sanktejo de la Imám ḥusayn, miaj okuloj je la unua fojo ekvidis Bahá'u'lláhon. Kion mi rakontu pri la vizaĝo, kiun mi vidis! La belo de tiu vizaĝo, tiuj ĉarmegaj trajtoj, kiujn nenia plumo nek peniko kuraĝu priskribi, Lia penetra ekrigardo, Lia afabla vizaĝo, la majesto de Lia sintenado, la dolĉeco de Lia rideto, la abundeco de Liaj gagatnigraj longaj haroj, neforigeble impresis mian animon. Mi estis tiam maljunulo aĝklinigita. Kiel ameme Li alproksimiĝis al mi! Li prenis mian manon, kaj en tono, kiu samtempe evidentigis potencon kaj belon, Li alparolis min jene: »Precize en ĉi tiu tago Mi intencas konigi vin kiel bábanon tute tra Karbilá.« Tenadante mian manon en la Lia, Li daŭrigis interparoli kun mi. Li iris kun mi laŭlonge la tutan vendejan straton, kaj fine Li diris: »Danko estu al Dio, ke vi restis en Karbilá kaj vidis per viaj propraj okuloj la vizaĝon de la promesita ḥusayn.« Tuj mi memoris la promeson, kiun Báb faris al mi. Mi konfidis al neniu Liajn vortojn, kiujn mi konsideris kiel aludantajn al malproksima estonto. Ĉi tiuj vortoj de Bahá'u'lláh kortuŝis min profundanime. Mi sentis min instigita proklami al neatenta homaro, precize en tiu momento kaj per mia tuta animo kaj povo, la alvenon de la promesita ḥusayn. Li ordonis, tamen, ke mi subpremu mian senton kaj kaŝu mian emocion. »Ankoraŭ ne,« li flustris en miajn orelojn; »la definitiva Horo alproksimiĝas. Ankoraŭ ĝi ne sonoris. Fidu kaj atendu.« De tiu momento ĉiuj miaj malĝojoj malaperis. Mia animo superpleniĝis pro ĝojo. En tiuj tagoj mi estis tiel malriĉa, ke plej ofte mi malsatis. Mi sentis min tiel riĉa, tamen, ke ĉiuj trezoroj de la tero neniiĝis, kompare al tio, kion mi jam posedas. »Tia estas la Difavoro; al tiu, kiun Li deziras, Li donacas ĝin; Li vere estas bonfaremega.«"*

Post ĉi tiu deflankiĝo, mi nun rekomencas mian temon. Mi estis aludanta al la avideco, kun kiu Siyyid Káẓim decidis disŝiri tiujn vualojn, kiuj intervenis inter liaj samtempuloj kaj la akcepto de la promesita Malkaŝanto. En la antaŭparoloj de liaj verkoj titolitaj Sharḥ-i-Qaṣídih kaj Sharḥ-i-Khuṭbih,[47] per kaŝitaj vortoj li aludas al la benita nomo de Bahá'u'lláh. En libreto, la lasta, kiun li verkis, li klare mencias la nomon de Báb per sia aludo al la termino „Dhikru'lláh-i-A`ẓam". En ĝi li skribas: *„Parolante al ĉi tiu nobla »Dhikr«*[48] *ĉi tiu potenca voĉo de Dio, mi diras: »Mi antaŭtimas la homojn, por ke ili ne malutilu vin. Mi antaŭtimas min mem, por ke ankaŭ mi ne dolorigu vin. Mi timas vin, mi tremas pro via aŭtoritato, mi timegas la epokon, en kiu vi vivas. Eĉ se mi ŝategus vin kiel mian pupilon ĝis la Tago de Revivigo, mi ne sufiĉe pruvus mian sindonon al vi.«"*[49]

---

[45] La nauan tagon de la monato Ďl'i'l-Hijjih.

[46] 5. Oktobro, 1951 p.Kr.

[47] Őapitro 2 de la „Disertacio pri Šl'ayňl'ismo," II, de A.L.M.Nicolas, entute pritraktas detalan elnomadon pri la cent tridekkvin libroj verkitaj de Siyyid Káýim, inter kiuj la jenaj estas elstarantaj:
1. Šl'arḥ-i-Ňl'uṭbiy-i-Tutunjíyyih.
2. Šl'arḥ-i-Qaṣídih.
3. Tafsírih Áyatu'l-Kursi.
4. Dar Asrár-i-Šl'ihádat-i-Imám ḥusayn.
5. Kosmografio.
6. Dalílu'l-Mutaḥayyirín.

Oni diras, ke liaj verkoj superas 300 volumojn. („Historio de Vojaăanto", Noto E, p. 238.

[48] „Ďl'ikr" signifas „mencio", „rememoro".

[49] En őapitro 3 de sia Disertacio pri Šl'ayňl'ismo", II, p. 43, A.L.M. Nicolas citas la jenan eltiraŕon el la Šl'arḥ-i-Qaṣídih de Siyyid Káýim: „Mi diris, ke en őiu jarcento estas elektitoj, kiuj diskonigas kaj disvastigas la instruojn, kiuj klarigas tion, kio estas nepermesita kaj tion, kio estas permesita, kiuj diras tion, kio estis kaĕita dum la antaůa jarcento. Alivorte, en őiu jarcento aperas klera kaj perfekta eminentulo, kiu ekverdigas

Kiel dolorige Siyyid Káẓim suferis pro la malpiuloj! Kian malutilon tiu malnobla generacio trudis sur lin! Jaron li suferis silente kaj elportis kun heroa pacienco ĉiujn malrespektojn, kalumniojn kaj denuncojn, per kiuj ili amase superŝutis lin. Tamen, dum la lastaj jaroj de sia vivo li estis destinita vidi, kiel la venĝanta mano de Dio *„detruis tutpereige”* tiujn, kiuj kontraŭstaris, humiligis kaj konspiris kontraŭ li. En tiuj tagoj la sekvantoj de Siyyid Ibráhím, tiu malbonfama malamiko de Siyyid Káẓim, unuiĝis por inciti ribelon kaj malbonon kaj por endaĝerigi la vivon de sia timinda kontraŭulo. Ĉiel ili serĉis okazon veneni la spiritojn de liaj admirantoj kaj amikoj, malfortigi lian aŭtoritaton kaj malestimigi lian nomon. Nenia voĉo protestis la maltrankvilon, kiu estis persisteme antaŭarangata de tiuj malpiaj kaj perfidemaj homoj, ĉiu el kiuj pretendis esti la montranto de la vera klereco kaj la tenanto de la misteroj de la Kredo de Dio. Neniu klopodis averti aŭ veki ilin. Ili tiel fortiĝis kaj ekscitis tian malpacon, ke ili sukcesis hontinde elpeli el Karbilá la oficiston reprezentantan de la turka registraro, kaj alpropriĝis por siaj propraj malnoblaj celoj ĉiujn enspezojn, kiuj apartenis al li. Ilia minacanta sinteno vekis la centran registaron en Konstantinoplo, kiu ekspedis militistan oficiston al la maltrankvila loko, kun plenaj instrukcioj estingi la fajron de malbono. Kun sia militistaro tiu oficisto sieĝis la urbon, kaj ekspedis komunikon al Siyyid Káẓim, en kiu li petegis, ke tiu trankviligu la spiritojn de la ekscitata popolamaso. Li petis, ke li konsilu al ĝiaj enloĝantoj moderecon, ke li instigu ilin forigi sian obstinegon kaj subiĝi propravole al lia regado. Se ili priatentus liajn konsilojn, li promesis, ke li entreprenus certigi ilian sendanĝerecon kaj protekton, proklamus ĝeneralan amnestion kaj penadus helpi ilian bonstaton. Se ili tamen rifuzus sin cedi, li avertis ilin, ke iliaj vivoj estus en danĝero, ke al ili certe okazus malfeliĉego.

Ricevinte tiun ĉi ceremonian komunikon, Siyyid Káẓim alvokis al si la ĉefajn instigantojn de la movado, kaj plej saĝe kaj korinkline admonis, ke ili ĉesu sian maltrankviligon kaj cedu siajn armilojn. Li parolis tiel konvinke, tiel sincere kaj sindediĉe, ke iliaj koroj moliĝis kaj ilia kontraŭstaro subiĝis. Ili solene entreprenis ekmalfermi, en la proksima mateno, la pordegojn de la citadelo kaj, en la kunesto de Siyyid Káẓim, prezentiĝi al la estra oficisto de la sieĝanta militistaro. Estis interkonsentite, ke la Siyyid intervenu por ili kaj akiru por ili tion kio ajn certigus iliajn sendanĝerecon kaj bonfarton. Tuj kiam ili forlasis la ĉeeston de la Siyyid, la ulemoj, la ĉefaj instigantoj de la ribelado, unuanime leviĝis por malsukcesigi tiun ĉi planon. Tute sciante, ke tia interveno de la Siyyid, kiu jam ekscitis ilian envion, emus plialtigi lian prestiĝon kaj firmigi lian aŭtoritaton, ili decidis instigi plurajn inter la malsaĝaj kaj eksciteblaj elementoj de la loĝantaro, ke ili ekeliru nokte kaj ataku la malamikan militistaron. Ili certigis al ĉi tiuj triumfon, fidante je sonĝo, en kiu unu el iliaj anoj vidis `Abbáson[50], kiu admonis, ke tiu incitu al siaj sekvantoj faradi sanktan militon kontraŭ la sieĝantoj, kaj donis al li promeson pri fina sukceso.

Trompitaj per ĉi tiu vana promeso, ili rifuzis la konsilon proponitan de tiu saĝa kaj prudenta konsilanto kaj leviĝis por plenumi la projektojn de siaj malsaĝaj ĉefoj. Siyyid Káẓim, kiu bone sciis la malbonan influon, kiu instigis tiun ribelon, skribas detalan kaj fidelan raporton pri la afero al la turka komandanto, kiu denove skribis al Siyyid Káẓim kaj ripetadis sian peton por paca kompromiso de la decidotaĵo. Li plie deklaris, ke je definitiva tempo li perforte malfermos la pordegojn de la citadelo kaj konsideros la hejmon de la Siyyid kiel la solan rifuĝejon por venkita malamiko. Tiun ĉi deklaraĵon la Siyyid disvastigis tute tra la urbo. Ĝi emis nur eksciti la mokon kaj malestimon de la loĝantaro. Kiam li informiĝis pri la ricevo donita al tiu deklaraĵo, la Siyyid diris: *„Vere, tio., per kio ili estas minacataj, estas por la mateno. Ĉu la mateno ne estas proksime?”*[51]

Tagiĝe, je la definitiva horo, la malamika militistaro bombardis la remparojn de la citadelo, detruis ĝiajn muregojn, eniris la urbon, kaj prirabis kaj masbuĉis grandan aron de ĝiaj loĝantoj. Multaj forkuris konsternite al la korto de la sanktejo de la Imám ḥusayn. Aliaj serĉis rifuĝejon en la sanktejo de `Abbás. Tiuj, kiuj amis kaj honoris Siyyid Káẓimon, iris al lian hejmon. Tiel granda estis la homamaso, kiu rapidis al la, rifuĝejo de lia loĝejo, ke necesiĝis alproprigi multajn el la apudaj domoj por gastigi la rifuĝantamason, kiu premis liajn pordojn. Tiel vasta kaj ekscitata estis la anaro, kiu amasiĝis en lian domon, ke, kiam fine la tumulto trankviliĝis, troviĝis, ke ne malpli ol dudek du personoj estis mortige piedpremitaj.

Kia konsterno ekkaptis la loĝantojn kaj vizitantojn de la sankta urbo! Kiel severe la venkintoj agis kontraŭ sia terurita malamiko! Kiel malrespekte ili ignoris tiujn sanktajn rajtojn kaj prerogativojn, per kiuj la pieco de sennombraj mahometanaj pilgrimantoj ĉirkaŭis la sanktajn lokojn en Karbilá! Ili malakceptis kaj la sanktejon de la Imám ḥusayn kaj la sanktan maŭzoleon de `Abbás kiel neperforteblajn sanktejojn por la miloj, kiuj forkuris antaŭ la venĝanta kolerego de

kaj ekflorigas la arbon de la religiaj instruoj, kiu rekreas ăian trunkon tiel, ke fine la libro de Kreado atingas sian celon dum periodo de mil ducent jaroj. Tiam aperos kelkaj perfektuloj, kiuj evidentigos certajn intimajn aferojn, kiuj estis kaĕitaj... Do, kiam finiăis la mil ducent jaroj, kiam finiăis la unua ciklo, kiu dependis de la aperiăo de la Profeta Suno, de la Luno de Viláyat, tiam finiăis la influo de tiu ciklo, kaj dua ciklo komencas por la klarigo de intimaj instruoj kaj kaĕitaj sekretoj.” Li mem poste alskribas tiujn ői vortojn: Alivorte, kaj por ankoraů pli bone klarigi tiun surprizan esprimon, kiu vere ne bezonas klarigon, Siyyid Káýim diras al ni, ke la unua ciklo, kiu daůras mil ducen jaroj, estas sole por la edukado de la korpoj kaj la spiritoj, kiuj dependas de tiuj korpoj. Estas kiel infano dn la utero de la patrino. La dua dicko estas por la edukado de la sanaj spiritoj, de tiuj anomoj, kiuj havas nenian rilaton kun la materia mondo. Estas kvazaů Dio volus plialtigi la spiritojn per devo en ői tiu mondo. Do, post la fino de la unua ciklo, kies aperiăo nomiăas Mahometo, venas la ciklo de intimeca edukado. En ői tiu ciklo la eksteraŕoj obeas la intimecojn, same kiel en la antaůa ciklo la intimecoj obeis la eksteraŕojn. Do, en ői tiu dua ciklo, la őiela nomo de la Profeto, kiu estas Aḩmad, estas la loko de la aperiăo, la Majstro: »Sed tiu nomo nepre devas esti trovita en la plej bona lando, en la plej pura aero.«” Nicolas plie alskribas la jenajn vortojn en noto: „La suprecitita nomo de Aḩmad celus kredigi, ke temas ői tie pri Šľayňľ Aḩmad. Sed tamen, parolante pri Laḩca, oni apenaů povas diri, ke ăi estas la plej bona lando. Kontraůe, oni scias, ke őiuj persaj poetoj unuiăas por prikanti Šľírázon kaj ăian idealan klimaton. Restas nur vidi tion, kion Šľayňľ Aḩmad mem diris pri sia lando.”

[50] Frato de la Imám ḥusayn.

[51] Korano, 11:81.

fremdaj homoj. La sanktigitaj lokoj de ĉi tiuj sanktejoj ambaŭ trempiĝis per la sango de la viktimoj. Unu loko, kaj nur unu, povis pretendi sian sanktejan rajton por la senkulpaj kaj fidelaj inter la loĝantaro. Tiu loko estis la loĝejo de Siyyid Káẓim. Lian domon kun ĝiaj filioj oni konsideris kiel dotatan per tia sankteco, kian eĉ la plej sanktigita sanktejo de ŝiana Islámo malsukcesis reteni. Tiu stranga malkaŝo de la venĝanta koleregо de Dio estis difinita leciono al tiuj, kiuj emis malgrandigi la postenon de tiu sanktulo. Tiu memorinda afero[52] okazis la okan de Dhi'l-Ḥijjih en la jaro 1258 p.H.[53]

Estas tute evidente, ke en ĉiu epoko kaj spiritordo, tiuj, kiuj estas komisiitaj aŭ proklami la veron aŭ pretigi la vojon por ĝia akcepto, estis ĉiam kontraŭstarataj de aro da potencaj malamikoj, kiuj disputis ilian aŭtoritaton kaj penis miskomprenigi iliajn instruojn. Ĉi tiuj, ĉu per malhonesto aŭ preteksto, kalumnio aŭ subpremo, dum kelka tempo sukcesis trompi la neinformitajn kaj erarigi la malfortajn. Dezirante daŭrigi ilian potencon super homaj pensoj kaj konsciencoj, ili povis ĝui la rezultojn de nedaŭra kaj necerta supereco tiel longe, kiel la Kredo de Dio restis kaŝita. Tuj kiam la Kredo estis proklamita, tamen, tute konsternite ili trovis, ke la rezultoj de iliaj malvirtaj konspiradoj paliĝas antaŭ la tagiĝa lumo de la Nova Tago de Dio. Antaŭ la fortegaj radioj de tiu leviĝanta Astro ĉiuj iliaj konspiroj kaj malbonagoj neniiĝis kaj baldaŭ estis forgesitaj.

Ĉirkaŭ Siyyid Káẓim ankaŭ kuniĝis aro de vantaj kaj malnoblaj homoj, kiuj ŝajnigis sindonon kaj korinklinon al li; kiuj pretendis esti religiaj kaj piaj, kaj kiuj asertis sin esti la solaj tenantoj de la misteroj konservataj en la eldiroj de Shaykh Aḥmad kaj lia posteulo. Ili okupis la honorsidejojn inter la disĉiplaro de Siyyid Káẓim. Al ili li predikis, kaj al ili li montris rimarkindajn respekton kaj ĝentilecon. Kaj tamen, per kaŝitaj kaj delikataj frazoj li ofte aludis al ilia blindeco, iliaj vanteco kaj tuta nekapableco ekkompreni la misterojn de Dia eldiro. Inter liaj aludoj estis la jenaj: *„Neniu povas kompreni mian lingvon krom tiu, kiun mi naskas."* Ofte li citis la jenan diraĵon: *„Mi estas ensorĉita pro la vizio. Mi estas muta pro miro, kaj mi vidas la mondon senigita je aŭdpovo. Mi estas senpova malkaŝi la misteron, kaj mi trovas la homojn nekapablaj porti ĝian ŝarĝon."* Alifoje li diris: *„Multaj estas tiuj, kiuj pretendas, ke ili atingis kuniĝon kun la Amato, kaj tamen tiu Amato malakceptas ilian pretendon. Oni povas diferencigi la veran amanton de la malvera per la larmoj, kiujn li verŝas por sia Amato."* Multfoje li diris: *„Tiu, al kiu laŭdestine Dio malkaŝos sin post mi, devenas de pura gento, de eminentega familio, de la idaro de* Fáṭimih*. Li estas mezalta kaj havas nenian korpan senperfektaĵon."*[54]

Mi aŭdis Shaykh Abú-Turábon[55] rakonti la jenon: *„Mi, kune kun aro de la disĉiploj de* Siyyid Káẓim*, konsideris la aludojn al ĉi tiuj senperfektaĵoj, de kiuj la* Siyyid *deklaris la Promesiton esti malembarasita, kiel specife direktatajn al tri personoj inter niaj kunuloj. Ni eĉ nomis ilin per tiuj nomoj, kiuj aludetis al iliaj korpaj mankoj. Unu el ili estis* Ḥájí Mírzá Karím Khán[56]*, filo de* Ibráhím Khán-i-Qájár-i-Kirmání*, kiu estis kaj unuokula kaj disebarbita. Alia estis* Mírzá Ḥasan-i-Gawhar*, treega dikkorpulo. La tria estis* Mírzá Muḥít-i-Shá`ir-i-Kirmání*, kiu estis eksterordinare maldika kaj alta. Ni sentis nin konvinkitaj, ke ĉi tiuj estas neniuj aliaj, ol tiuj, al kiuj la* Siyyid *senĉese aludis kiel al tiuj vantaj kaj senfidelaj homoj, kiuj fine malkaŝos siajn verajn memojn kaj evidentigos siajn sendankecon kaj malsaĝecon. Rilate al* Ḥájí Mírzá Karím Khán*, kiu dum jaroj sidis ĉe la piedoj de* Siyyid Káẓim *kaj akiris de li ĉian sian tiel nomatan*

---

[52] A.L.M. Nicolas en sia „Disertacio pri Šľayňľismo", II, pp. 29-30, priskribas la okazintaĵon jene: „Tiu afero okazis en la jaro 1258 (1842), en la festotago de Qadr. La armeoj de Baľľdád, sub la direktado de paĕaho Najíb, perforte ekokupis Karbiláon, kies loĕantojn ili masbuőis kaj kies reőajn moskeojn ili prirabis. Őirkaů naů mil personoj estis mortigitaj, kaj la plimulto estis persoj. Ĕaho Muḥammad estis tiel malsana, kiam tiuj aferoj okazis, ke la altrangaj oficistoj ilin sekretigis de li.

Kiam poste la ĕaho informiĕis pri ili, li koleregis kaj ŕuris teruran venĕon. Sed la rusa kaj angla reprezentantoj intervenis por trankviligi la aferojn. Finfine, Mírzá Ja`far Ňľán Mušľíru'd-Dawlih, revenante de lia ambasado en Konstantinoplo, estis sendita al Erzeroum por renkonti la anglajn, rusajn kaj turkajn delegitojn.

Alveninte en Tabrízon, la persa plenrajtigito malsaniĕis. Ḥájí Mírzá Áqásí tiam anstataůigis lin per Mírzá Taqí Ňľán-i-Faráháni, Vazír Niýám. Ői tiu iris al Erzeroum kun 200 oficistoj.

La turka delegito estis Anvar Effendi, kiu ĕajnis esti ĕentile pacigema, sed unu el la homoj de Amír Niýám faris ion, kio ofendis la sunanan religion; la loĕantaro alkuregis al la tendaro de la ambasadoro; du aů tri persoj estis mortigitaj, őio estis rabita, kaj la vivo de Amír Niýám estis savita nur dank' al la interveno de paĕaho Badrí.

La turka registraro pardonpetis kaj pagis 15.000 tumanojn kiel kompencaŕon kaj favoron.

En sia Hidáyatu'ṭ-ṭálibín, Karím Ňľán esprimas deziron, ke dum la prirabo de Karbilá la venkinta militistaro ne tuĕu la domojn de la šľayňľanoj. Őiuj tiuj, li diras, kiuj tie serőis rifuĕejon, estis savitaj, kaj tie oni amasigis siajn trezorojn. Neniu el la kunuloj de Siyyid Káýim estis mortigita, dum tiuj, kiuj rifuĕis en la sanktejojn, estis senkompate masbuőitaj. Oni diras, ke la paĕaho eniris la sanktejon surőevale."

[53] 10. Januaro, 1843. P.Kr.

[54] A.L.M Nicolas, en sia „Disertacio pri Šľayňľismo", II, pp.60-61, citas la jenan eltiraŕon el la verkoj de Siyyid Káýim: „Vi komprenis, mi opinias, ke la religia Leĕo kaj la moralaj instruoj estas la nutraŕo de la Spirito. Estas do devige, ke tiuj religiaj leĕoj estu diversaj. Necesas, ke iafoje la antaůaj ordonoj estu nuligitaj, necesas, ke ili konsistu el dubaj aferoj kaj certaj aferoj, el ĕeneraleŕoj kaj specialaŕoj, el la senlima kaj la neeterna, el la videbla kaj la intima, por ke la infano atingu la viriĕecan aĕon kaj perfektiĕu en sia povo kaj kapableco.

En tiu momento devas aperi la Qá'im, kaj post lia malkaĕo devas efektiviĕi la tempo de sia vivo, kaj li devas esti mortigita; kiam li estos mortigita, tiam la mondo atingos la aĕon de 18 jaroj."

[55] Laů Samandar (p. 32), Šľayňľ Abú-Turáb estis naskiĕinto de Išľtihárd kaj rangis inter la őefaj disőiploj de Siyyid Káýim. Li edziĕis al fratino de Mullá Ḥusayn. Li mortis dum malliberigo en Ṭihrán.

[56] "Báb skribis al Ḥájí Muḥammad-Karím Ňľán... kaj sugestis, ke tiu akceptu lian aůtoritaton. Tion li ne nur tute rifuzis fari, sed plie, li skribis traktaŕon kontraů Báb kaj liaj instruoj." (p. 910.) "Almenaů du traktaŕoj tiaj estis verkitaj de Ḥájí Muḥammad-Karím Ňľán. Unu el ili estis verkita post ői tiu dato, kredeble post la morto de Báb, pro speciala peto de ĕaho Naṣíri'd-Dín. El ambaů ői tiuj, unu estas presigita, kaj ĕi nomiĕas »la subpremado de mensogo« (Izháqu'l-Báṭil)." (Subnoto 1, p. 910.) (Ŕurnalo de la Reĕa Societo Azia, 1889, artikolo 12.)

*klerecon, li fine ricevis permeson de sia majstro loĝiĝi en Kirmán kaj tie okupiĝi pri la antaŭenigo de la interesoj de Islámo kaj la dissemado de tiuj tradicioj, kiuj kolektiĝis ĉirkaŭ la sankta memoro de la Imámoj de la Kredo.*

*Unu tagon mi ĉeestis en la biblioteko de Siyyid Káẓim, kiam alvenis servanto de ḥájí Mírzá Karím Khán, kun libro en la mano, kiun li donis al la Siyyid pro sia majstro, petante, ke li tralegu ĝin kaj skribu propramane sian aprobon pri ĝia enhavo. La Siyyid legis partojn de tiu libro kaj redonis ĝin al la servanto kun la jena komuniko: »Diru al via majstro, ke li, pli bone ol iu alia, povas taksi la valoron de sia propra libro.« La servanto jam foriĝis, kiam la Siyyid malĝojvoĉe diris: »Li estu malbenita! Jarojn li kunestis kun mi, kaj nun, kiam li intencas foriri post tiel multaj jaroj da studo kaj kuneco, lia sola celo estas dissemi pere de sia libro tiajn herezajn kaj ateistajn instruojn, kiujn li nun deziras, ke mi aprobu. Li interkonsentis kun aro da egoistaj hipokrituloj kun la celo ekloĝi en Kirmán kaj preni sur sin la direktadon de certa ĉefeco post mia foriro el ĉi tiu mondo. Kiel dolorige li eraris en sia opinio! Ĉar la venteto de Dia revelacio, kiu blovetas el la Fonto de gvidado, certe estingos lian lumon kaj detruos lian influon. La arbo de lia penado fine produktos nenion krom la frukto de akra seniluziiĝo kaj turmenta memriproĉo. Vere mi diras, vi vidos tion ĉi per viaj propraj okuloj. Mia preĝo por vi estas, ke vi estu gardata kontraŭ la malbona influo, kiun li, la antikristo de la promesita Revelacio, estonte uzos.« Li ordonis, ke mi kaŝu tiun ĉi antaŭdiron ĝis la Tago de Revivigo, la Tago, kiam la Namo de Ĉiopovo estos malkaŝinta la sekretojn, kiuj nun estas kaŝitaj en homaj brustoj. »En tiu Tago,« li admonis min, »leviĝu kun neflankiĝanta celo kaj decido por la triumfo de la Kredo de Dio. Ĉien disvastigu ĉion tion, kion vi aŭdis kaj vidis.«”* Tiu sama Shaykh Abú-Turáb, kiu, en la fruaj tagoj de la spiritordo proklamita de Báb, opiniis, ke estus pli saĝe ne identiĝi kun Lia Movado, konservis en sia koro la plejan amon por la revelaciita Malkaŝanto, kaj li restis en sia kredo fortika kaj senmova kiel roko. Fine tiu bruletada fajro ekflamiĝis en lia animo kaj estis kaŭzo de tia konduto liaparte, ke ĝi igis lin suferi malliberiĝon en ṭihrán, en la sama subtera malliberejo en kiu Bahá’u’lláh estis malliberigata. Li restis konstanta ĝis la plena fino kaj kronis vivon de amema sinofero per la gloro de martireco.

Kaj dum la vivo de Siyyid Káẓim estis ekfiniĝanta, kiam ajn li renkontis siajn disĉiplojn, ĉu dum privata interparolo aŭ publika prediko, li admonis ilin, dirante: *„Ho miaj amataj kunuloj! Zorgu, zorgu, por ke post mi la monda vanteco nedaŭra ne trompu vin. Zorgu, por ke vi ne iĝu fieregaj kaj forgesemaj pri Dio. Estas via devo forlasi ĉiun komforton, ĉiujn surterajn havaĵojn kaj parencojn dum via serĉado por Tiu, kiu estas la Deziro de viaj koroj kaj de la mia. Disvastiĝu ĉien, apartiĝu spirite de ĉiuj surteraĵoj, kaj humile kaj preĝeme petegu, ke via Sinjoro fortigu kaj gvidadu vin. Neniam malfortiĝu en via decido serĉi kaj trovi Tiun, kiu estas kaŝita per la vualoj de gloro. Persistu ĝis la tempo, kiam Tiu, kiu estas via vera Gvidanto kaj Majstro, afable helpos vin kaj ebligos vin ekkoni Lin. Estu firmaj ĝis la tago, kiam Li elektos vin kiel la kunulojn kaj la heroajn subtenantojn de la promesita Qá’im. Bonege estos al ĉiu el vi, kiu ektrinkos la tason de martireco sur Lia vojo. Tiuj el vi, kiujn Dio en sia saĝeco konservos kaj gardos por vidi la subiron de la Stelo de Dia gvidado, tiun Antaŭiranton de la Suno de Dia Revelacio, devos esti paciencaj, devos resti animocertaj kaj konstantaj. Tiuj el vi devos nek ŝanceliĝi nek konsterniĝi. Ĉar tuj post la unua trumpetado, kiu afliktos la teron per ekstermo kaj morto, sonos ankoraŭ nova voko, je kiu ĉiuj aĵoj estos vivigitaj kaj refreŝigitaj. Tiam malkaŝiĝos la signifo de la jenaj sanktaj versoj: »Kaj trumpetadis, kaj mortis ĉiuj, kiuj estas en la ĉielo, kaj ĉiuj, kiuj estas sur la tero, krom tiuj, kiujn Dio permesis vivi. Tiam denove trumpetadis, kaj jen! Leveĝante, ili rigardadis ĉirkaŭ si. Kaj la tero lumiĝis pro la lumo de sia Sinjoro, kaj la Libro estis malfermita, kaj la Profetoj estis venigitaj, kaj la atestantoj; kaj juĝado estis farita inter ili en justeco; kaj neniu kulpiĝis malprave.«*[57] *Vere mi diras, post la Qá’im Dio malkaŝos sin al la Qayyúm.*[58] *Ĉar kiam subiros la stelo de Tiu unua, la suno de la belo de ḥusayn leviĝos kaj lumigos la tutan mondon. Tiam estos malkaŝita en ĝia tuta gloro la »mistero« kaj la »sekreto«, pri kiuj parolis Shaykh Aḥmad, kiu diris: »La mistero de tiu Movado devos esti malkaŝita, kaj la sekreto de tiu Revelacio devos esti malsekretigita.« Atingi tiun Tagon de tagoj estas atingi la plej superan gloron de pasintaj generacioj, kaj unu bona faro plenumota en tiu epoko estos egala al pia adorado dum jarcentoj sennombraj. Kiel ofte tiu respektegindulo, Shaykh Aḥmad, ripetis tiujn suprecititajn versojn el la Korano! Kiel forte li emfazis ilian gravecon kiel antaŭsignon de la alveno de tiuj ĝemelaj Revelacioj, kiuj rapide sekvos unu la alian, kaj el kiuj ĉiu estas destinita plenigi la mondon per sia tuta gloro! Kiel ofte li ekkriis: »Bonege estos al tiu, kiu ekkonos ilian gravecon kaj vidos ilian brilecon!« kiel ofte li diris, parolante al mi: »Neniu el ni ĝisvivos rigardadi ilian brilegan gloron. Sed multaj el la fidelaj inter viaj disĉiploj vidos la Tagon, kiun ni, ho ve, neniam esperos vidi!« Ho miaj amataj kunuloj! Kiel granda, kiel ege granda la misio, por kiu mi disciplinis kaj pretigis vin! Daŭre penadu kaj atentu Lian promeson. Mi preĝas, ke Dio afable helpu vin elporti la ŝtormojn de tentoj kaj provoj, kiuj devos persekuti vin, ebligu vin eliĝi el ili sendifekte kaj triumfe, kaj gvidu vin al via alta destino.”*

Ĉiujare, en la monato Dhi’l-Qa`dih, la Siyyid kutimis iri el Karbilá al Káẓimayn[59] por viziti la sanktejojn de la imámoj. Li kutime revenis al Karbilá en la tago `Arafih, ĝustatempe por viziti la sanktejon de la Imám ḥusayn. Tiun jaron, la lasta jaro de lia vivo, laŭkutime li foriris el Karbilá en la fruaj tagoj de la monato Dhi’l-Qa`dih, en la jaro 1259 p.H.,[60] akompanata de aro da siaj kunuloj kaj amikoj. La kvaran tagon de tiu monato li alvenis ĉe la Masjid-i-Baráthá, kiu kuŝas sur la ĉefvojo inter Baghdád kaj Káẓimayn, ĝustatempe por la meztaga preĝo. Li ordonis, ke la muezino kunvoku

---

[57] Korano, 39:68

[58] Aludoj al Báb kaj Bahá’u’lláh respektive.

[59] La tomboj de „la du Káýimoj”, la sepa Imám Músá Káýim kaj la naůa Imám Muḫammad-Taqí, őirkaů tri mejlojn norde de Bařľdád. Őirkaů ili stariăis jam sufiőe granda urbo, enhavanta precipe persojn nomatajn „Káýimaynoj”.

[60] 23. Novembro - 23. Decembro, 1843 p.Kr.

la fidelulojn al la preĝo. Starante en ombro de palmo, kiu frontis la masjidon, li kunpreĝis kun la preĝantaro kaj ĵus estis fininta sian Diservon, kiam arabo subite aperis, alproksimiĝis al la Siyyid kaj ĉirkaŭprenis lin. *„Antaŭ tri tagoj,"* li diris, *„mi estis paŝtanta mian ŝafaron en ĉi tiu apuda paŝtejo, kiam dormo subite ekkaptis min. En mia sonĝo mi vidis Mahometon, la Apostolo de Dio, kiu alparolis min per la jenaj vortoj: »Aŭskultu, ho paŝtisto, al Miaj vortoj, kaj gardu ilin en via koro. Ĉar ĉi tiuj Miaj vortoj estas Dia konfiditaĵo, kiun Mi komisias al via konservado. Se vi atentos ilin, granda estos via rekompenco. Se vi malatentos ilin, aflikta puno okazos al vi. Aŭdu Min; ĉi tio estas la konfiditaĵo, kiun Mi komisias al vi: Restu en la regiono de la Masjid-i-Baráthá. La trian tagon post ĉi tiu sonĝo, ido de Mia anaro, nomita Siyyid Káẓim, akompanata de siaj amikoj kaj kunuloj, ekhaltos meztage en ombro de la palmo proksime al la masjid. Tie li preĝos. Tuj kiam viaj okuloj ekvidos lin, petu lian ĉeeston kaj transdonu al li Miajn amsalutojn. Diru al li pro Mi: „Ĝoju, ĉar la horo de via foriro alproksimiĝas. Kiam vi estos plenumintaj viajn vizitojn en Kaẓimayn kaj reveninta al Karbilá, tie, tri tagojn post via reveno, en la tago `Arafih, vi alflugos al Mi. Tuj poste Dio malkaŝos sin al Tiu, kiu estas la Vero. Tiam la mondo iluminiĝos pro la lumo de Lia vizaĝo."«"* Rideto lumigis la vizaĝon de Siyyid Káẓim post la fino de la priskribo de la sonĝo rakontita de tiu paŝtisto. Li diris: *„Estas nenia dubo pri la vereco de la sonĝo, kiun vi sonĝis."* Liaj kunuloj forte ĉagrenis. Direktante sin al ili, li diris: *„Ĉu via amo por mi ne estas pro tiu Verulo, kies alvenon ni ĉiuj atendas? Ĉu vi ne dezirus, ke mi mortu, por ke la Promesito estu malkaŝita?"* Ĉi tiu tuta epizodo estis rakontita al mi de ne malpli ol dek personoj, ĉiu el kiuj vidis tiun okazintaĵon kaj atestis ĝian aŭtentecon. Kaj tamen multaj el tiuj, kiuj per siaj propraj okuloj vidis tiajn mirindajn signojn, malakceptis la Veron kaj malkonfesis Lian Revelacion!

Ĉi tiu stranga okazintaĵo ĉien aŭdiĝis. Ĝi kaŭzis malĝojon al la koroj de la veraj amantoj de Siyyid Káẓim. Al ĉi t5iuj, kun senlima amo kaj ĝojo, li parolis vortojn de kuraĝo kaj konsolo. Li trankviligis iliajn ĉagrenitajn korojn, fortikigis ilian kredon kaj instigis ilian fervoron. Digne kaj trankvile li plenumis sian pilgrimadon kaj revenis al Karbilá. La saman tagon de sia alveno li malsaniĝis kaj enlitiĝis. Liaj malamikoj disvastigis la famon, ke la guberniestro de Baghdád venenis lin. Ĉi tio estis absoluta kalumnio kaj senduba mensogo, ĉar la guberniestro mem tute konfidis je Siyyid Káẓim kaj ĉiam konsideris lin kiel genian ĉefon dotitan de vigla percepto kaj havantan neriproĉindan karakteron.[61] En la tago `Arafih, en la jaro 1259 p.H., je la matura aĝo de sesdek jaroj, Siyyid Káẓim, laŭ la vizio de tiu humila paŝtisto, adiaŭis tiun ĉi mondon, postlasante aron da fervoraj kaj sindonaj disĉiploj, kiuj, purigitaj de ĉia surtera deziro, ekiris serĉadi sian promesitan Amaton. Lia sankta kadavro estis enterigita en la regiono de la sanktejo de la Imám ḥusayn.[62] Lia morto okazigis tumulton en Karbilá similan al la maltrankvilo, kiu ekkaptis ĝian homojn en la antaŭa jaro,[63] en la antaŭvespero de la tago `Arafih, kiam la venkinta malamiko perforte malfermis la pordegojn de la citadelo kaj masbuĉis sufiĉe grandan aron da ĝiaj sieĝataj enloĝantoj. Unu jaron antaŭe, en tiu tago, lia domo estis la sola rifuĝejo de paco kaj sendanĝereco por la senigitaj kaj senhejmaj, sed nun ĝi fariĝis domo de malĝojo, kie tiuj, kiujn li amike helpadis, lamentis lian morton kaj funebris lian perdon.[64]

---

[61] „Rilate al la ekokupo de Karbilá, Karím Ňľán, kiu insistas pri la respekto, kiun la atakantoj montris al la šľayňľanoj kaj al Siyyid Káýim-i-Rašľtí, tute ne ăenas sin publikigi, ke estas tute konjekteble, »ke Siyyid Káýim estis veninta en Bařľdád de tiu malbonfamega paĕaho Najíb, kiu, li diras, donis al li trinkaĭon, post kiu li fortege eksoifis kaj mortis«. Tiel la persoj skribas la historion!" („Disertacio pri Šľayňľismo", II, pp.30-31, de A.L.M. Nicolas.)

[62] „Li estis enterigita malanteu la fenestro de la koridoro de la tombo de la Sinjoro de la Kredodeklarintoj. Tiu tombo estis tre profunde elfosita, kliniăante malsupre al la interno de la interdiktejo." (Ibid., p.31.)

[63] „Dum la vivo de Siyyid Káýim, la doktrono de la šľayňľanoj tiel bone diskoniăis tute tra Persujo, ke en la sola provinco Iraq estis pli ol cent mil muridoj." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.463.)

[64] „Őí tie finiăas la historio de la fondo de šľayňľismo, aů almenaů de ăia unueco. Efektive, post la morto de Siyyid Káýim-i-Rašľtí, ăi estas dividiăonta en du sektojn. Unu, nomita Bábismo, donos al ăi tian disvolvadon, kiun ĕajnis esperigi la forto de la movado findita de Šľayňľ Aḥmad, kaj kiun ĕajne atendis la du majstroj, se oni kredas iliajn antaůdirojn; la alia, sub la direktado de Karím Ňľán-i-Qajár-i-Kirmání, daůrigos siajn bagalojn kontraů la ĕiana elemento, sed őiam penos gardi sin per ĕajna mieno de perfekta Iťľná-`Ašľarismo. Se por Karím Ňľán, Báb kaj Liaj sektanoj estas aőaj malpiuloj, por la bábanoj Karím Ňľán estas la antikristo aů Dajjál antaůdirita de Mahometo." („Disertacio pri Šľayňľismo", II, p.31, de A.L.M. Nicolas.)

# Parto Dua: La Revelacio de Báb

### *Ĉapitro III*
### *La Deklaro pri la Misio de Báb*

La morto de Siyyid Káẓim estis signalo por rekomencota agado flanke de liaj malamikoj. Avidaj por ĉefeco, kaj kuraĝigitaj pro lia forpreno kaj la sekva konsterno de liaj sekvantoj, ili reasertis siajn pretendojn kaj pretiĝis efektivigi siajn ambiciojn. Dum kelka tempo timo kaj maltrankvilo premis la korojn de la fidelaj disĉiploj de Siyyid Káẓim, sed post la reveno de Mullá ḥusayn-i-Bushrú'í de la tre sukcesa misio, je kiu li estis komisiita de sia instruanto, ilia malĝojo dispeliĝis.[65]

La unuan tagon de Muḥarram, en la jaro 1260 p.H.,[66] Mullá ḥusayn revenis al Karbilá. Li kuraĝigis kaj fortigis la malĝojajn disĉiplojn de sia amata ĉefo, rememorigis ilin pri lia absoluta promeso, kaj petegis konstantan atentegon kaj senĉesan penon en ilia serĉado por la kaŝita Amato. Restante en la proksima najbaraĵo de la domo okupita de la Siyyid, dum tri tagoj li senĉese akceptis vizitojn de sufiĉe granda aro da funebrantoj, kiuj rapidis transdoni al li, kiel ĉefa reprezentanto de la disĉiploj de la Siyyid, la esprimojn de siaj ĉagrenego kaj malĝojo. Poste li kunvokis grupon de siaj plej eminentaj kaj fidindaj kundisĉiploj kaj demandis pri la deziresprimoj kaj la lastaj admonoj de ilia mortinta ĉefo. Ili informis lin, ke Siyyid Káẓim multfoje kaj emfaze ordonis, ke ili forlasu siajn hejmojn, disiĝu ĉien, purigu siajn korojn de ĉiu vana deziro, kaj dediĉu sin al la serĉado de Tiu, al kies alveno li tiel ofte aludis. *„Li sciigis nin"* ili diris, *„ke la Celo de nia serĉado estas nun malkaŝita. La vualoj, kiuj intervenis inter vi kaj Li estas tiaj, kiajn nur vi povos forpreni per via sindona serĉado. Nur preĝema peno, pura motivo, unucela spirito, ebligos al vi disŝiri ilin. Ĉu Dio ne revelaciis en sia Libro: »Kiuj ajn penos por Ni, laŭ Niaj vojoj Ni gvidos ilin«[67]?"* *„Kial do,"* Mullá ḥusayn demandis, *„Vi elektis resti en Karbilá? Kial vi ne disiĝis kaj leviĝis por plenumi lian fervoran petegon?"* *„Ni konfesas nian kulpon,"* estis ilia respondo, *„vian eminentecon ni ĉiuj atestas. Tia estas nia konfido je vi, ke, se vi pretendos esti la Promesito, ni ĉiuj volonte kaj absolute submetiĝos. Koncerne tion ni promesas nian lojalecon kaj obeon al tio, kion ajn vi ordonos al ni plenumi."* *„Dio gardu"* ekkriis Mullá ḥusayn. *„Tute ne estu laŭ Lia gloro, ke mi, kiu estas nur polvaĵo, estu komparita al Tiu, kiu estas la Sinjoro de Sinjoroj! Se vi bone komprenus la tonon kaj lingvaĵon de Siyyid Káẓim, vi neniam eldirus tiajn vortojn. Via unua devo, kiel ankaŭ la mia, estas leviĝi kaj plenumi, laŭsence kaj laŭlitere, la lastan komunikon de nia amata ĉefo."* Li tuj leviĝis de sia loko kaj iris rekte al Mírzá ḥasan-i-Gawhar, Mírzá Muḥít, kaj aliaj bonkonatuloj inter la disĉiploj de Siyyid Káẓim. Al ĉiuj li sentime transdonis la lastan komunikon de sia ĉefo, emfazis la neprokrasteblan karakteron de ilia devo, kaj urĝis, ke ili leviĝu kaj plenumu ĝin. Al lia petego ili respondis eviteme kaj malinde. *„Niaj malamikoj,"* unu el ili diris, *„estas multaj kaj potencaj, Ni devas resti en ĉi tiu urbo kaj gardi la lokon de nia mortinta ĉefo."* Alia diris: *„Estas devige, ke mi restu kaj prizorgu la infanojn, kiujn la Siyyid postlasis."* Mullá ḥusayn tuj sentis la vanecon de siaj penoj. Konstatante la gradon de ilia malsaĝo, iliaj blindeco kaj sendankeco, li ne parolis plu al ili. Li foriĝis, lasante ilin al iliaj vanaj okupoj.

Ĉar ĵus komenciĝis por la mondo la jaro sesdeka, la jaro, kiu vidis la naskiĝon de la promesita Revelacio, ne ŝajnus nedece deflankiĝi nuntempe kaj mencii certajn tradiciojn de Mahometo kaj de la imámoj de la Kredo, kiuj rilatas speciale al tiu jaro. Kiam oni demandis Imám Ja`faron, filo de Mahometo, pri la jaro, en kiu la Qá'im estos malkaŝita, li respondis jene: *„Vere, en la jaro sesdeka estos Lia Afero revelaciita kaj Lia nomo disvastigita."* En la verkoj de la klera kaj ĉiekonata Muḥyi'd-Dín-i-`Arabí troviĝas multaj aludoj kaj pri la jaro de la alveno kaj pri la nomo de la promesita Malkaŝanto. Inter ili estas la jenaj: *„La servantoj kaj la subtenantoj de Lia Kredo estos el la homoj de Persujo."* *„En Lia nomi, la nomo de la Gardanto (`Alí) antaŭas tiun de la Profeto (Mahometo)."* *„La jaro de Lia Revelacio estas egala al duono de tiu numero, kiu estas dividebla per naŭ (2520)."* En siaj poemoj pri la jaro de la Malkaŝanto, Mírzá Muḥammad-i-Akhbárí skribas la jenan antaŭdiron: *„En la jaro Ghars (de kies literoj la nombra valoro estas 1260) la tero iluminiĝos per Lia lumo, kaj en Gharasih (1265) la mondo pleniĝos per ĝia gloro. Se vi ĝisvivos la jaron Gharasí (1270), vi vidos, kiel la nacioj, la regantoj, la popoloj, kaj la Kredo de Dio ĉiuj estos renovigitaj."* En tradicio atributita al la Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj, estas ankaŭ enskribite: *„En Ghars estos plantita la Arbo de Dia gvidado."*

Kvitiĝinte pri la devosento, ke li devas instigi kaj veki siajn kundisĉiplojn, Mullá ḥusayn ekvojaĝis el Karbilá al Najaf. Kune kun li estis Muḥammad-ḥasan, lia frato, kaj Muḥammad-Báqir, lia nevo, kiuj ambaŭ akompanis lin de la tempo de lia vizito ĉe lia naskurbo Bushrúyih, en la provinco Khurásán. Alveninte ĉe la Masjid-i-Kúfih, Mullá ḥusayn decidis pasigi kvardek tagojn en tiu loko, kie li vivis solece kaj preĝeme. Per siaj fastoj kaj maldormoj li pretigis sin por la

---

[65] „Mullá ḥusayn-i-Bušľrú'í estis viro, al kiu eő liaj kontraůuloj atribuis grandan klerecon kaj fortegan karakteron. De sia juneco li fervore dediőis sin al studado, kaj li akiris estimon pro sia progreso en teologio kaj juroscienco." („Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", p. 128, de la Comte de Gobineau.)

[66] 22. Januaro, 1844. P.Kr.

[67] Korano, 29:69

sankta entrepreno, kiun li estis baldaŭ komenconta. En la daŭro de ĉi tiuj adoraĵoj, nur lia frato kuniĝis kun li, dum lia nevo, kiu prizorgis iliajn ĉiutagajn bezonojn, fastis, kaj kunpreĝis kun ili dum sia libera tempo.

Post kelkaj tagoj ĉi tiu soleca trankvilo, kiu ĉirkaŭis ilin, neatendite estis interrompita per la alveno de Mullá `Alíy-i-Basṭámí, unu el la plej eminentaj disĉiploj de Siyyid Káẓim. Kune kun dekdu aliaj kunuloj li alvenis ĉe la Masjid-i-Kúfih, kie li trovis sian kundisĉiplon Mullá ḥusaynon enprofundiĝintan en meditado kaj preĝo. Mullá `Alí estis dotita de tiel granda klereco, kaj li estis tiel profunde sperta pri la instruoj de Shaykh Aḥmad, ke multaj konsideris lin eĉ pli supera, ol Mullá ḥusayn. Kelkafoje li provis demandi Mullá ḥusaynon pri lia vojaĝocelo post la fino de lia soleca periodo. Ĉiam, kiam li alproksimiĝis al li, li trovis lin tiel enprofundiĝintan en sia Diservo, ke li sentis, ke estus neeble fari demandon. Baldaŭ li decidis foriĝi de homa socio, same kiel Mullá ḥusayn, dum kvardek tagoj. Ĉiuj liaj kunuloj sekvis lian ekzemplon krom tri, kiuj deĵoris kiel personaj servantoj.

Tuj post la plenigo de sia kvardektaga soleco, Mullá ḥusayn, kune kun siaj du kunuloj, foriris al Najaf. Li eliris nokte el Karbilá, vizitis survoje la sanktejon de Najaf, kaj iris rekte al Búshihr, kiu kuŝas ĉe la Persa Golfo. Tie li komencis sian sanktan serĉadon por la Amato de sia kordeziro. Tie, je la unua fojo, li enspiris la bonodoron de Tiu, kiu dum jaroj vivis en tiu urbo kiel komercisto kaj humila urbano. Tie li eksentis la dolĉan odoron de sankteco, per kiu la sennombraj preĝoj de tiu Amato tiel plene bonodorigis la atmosferon de tiu urbo.

Li ne povis, tamen, resti pli longe en Búshihr. Altirata kvazaŭ per magneto, kiu ŝajnis nekontraŭstareble allogi lin norden, li iris al Shíráz. Alveninte ĉe la pordego de tiu urbo, li petis siajn fraton kaj neon, ke ili iru rekte al la Masjid-i-Ílkhání kaj restu tie ĝis lia alveno. Li esprimis la esperon, ke, se plaĉos al Dio, li alvenos ĝustatempe por vesperpreĝi kun ili.

En tiu sama tago, kelkajn horojn antaŭ sunsubiro, dum li estis iranta ekster la urba pordego, liaj okuloj subite ekvidis Junulon lumvizaĝan, kiu portis verdan trubanon kaj kiu, alproksimiĝante al li, salutis lin kun rideto de ama bonveno. Li ĉirkaŭprenis Mullá ḥusaynon kun amema korinklino, kvazaŭ li estus lia intima kaj vivdaŭra amiko. Mullá ḥusayn unue opiniis Lin esti disĉiplo de Siyyid Káẓim, kiu, informiĝinte pri lia alproksimiĝo al Shíráz, elvenis por bonvenigi lin.

Mírzá Aḥmad-i-Qazvíní, la martiro, kiu kelkafoje aŭdis Mullá ḥusaynon rakonti al la tiamaj kredantoj la kronikon pri sia kortuŝa kaj historia intervjuo kun Báb, rakontis al mi la jenon: *„Multfoje mi aŭdis Mullá ḥusaynon vivsimile priskribi la cirkonstancojn de tiu remarkinda intervjuo: »La Junulo, kiu renkontis min ekster la pordego de Shíráz, superŝutis min per esprimoj de korinklino kaj bonvolo. Li transdonis al mi koran inviton viziti Lian domon kaj tie refreŝigi min post mia provojaĝa laciĝo. Mi apologiis, klarigante, ke miaj du kunuloj jam aranĝis mian restadon en tiu urbo kaj nun atendas mian revenon. „Konfidu ilin al la protektado de Dio," estis Lia respondo; „Li certe prizorgos kaj gardos ilin." Parolinte tiujn ĉi vortojn, Li invitis min sekvi Lin. Mi profunde impresiĝis pro la bonanima sed deviga parolmaniero de tiu Junulo. Dum mi sekvis Lin, Lia paŝmaniero, la ĉarmo de Lia voĉo, la digno de Lia sintenado, emis plialtigi mian unuan impreson de tiu neatendita renkonto.*

*Ni baldaŭ trovis nin starantaj ĉe la pordo de mezriĉe aspekta domo. Li frapis la pordon, kiun baldaŭ malfermis etiopa servanto. „Envenu en paco, sentime,"[68] estis Liaj vortoj dum Li transiris la sojlon kaj signis, ke mi sekvu Lin. Lia invito, eldirita potence kaj majeste, penetris mian animon. Mi konsideris kiel bonan antaŭsignon esti alparolita per tiaj vortoj, dum mi staris sur la sojlo de la unua domo, kiun mi estis eniranta en Shíráz, urbo, kies atmosfero mem jam nepriskribeble impresis min. Ĉu ne mia vizito en ĉi tiu domo, mi pensis al mi, ebligus, ke mi pli alproksimiĝu al la Celo de mia serĉado? Ĉu ĝi ne povus akceli la finon de periodo de ega sopiro, de fervora serĉado, de pligrandiĝanta maltrankvilo, kiujn tia serĉado entenas? Dum mi eniris la domon kaj sekvis mian Gastiganton al Lia ĉambro, sento de neesprimebla ĝojo plenigis mian animon. Tuj post kiam ni sidiĝis, Li ordonis, ke oni alportu kruĉon da akvo, kaj Li invitis min forlavi la vojaĝmakulojn de miaj manoj kaj piedoj. Mi petis permeson foriĝi de Lia ĉeesto kaj fari miajn ablucioјn en apuda ĉambro. Li rifuzis plenumi mian peton kaj komencis verŝi la akvon sur miajn manojn. Poste Li donis al mi refreŝigan trinkaĵon, post kiu Li petis la samovaron[69] kaj mem preparis la teon, kiun Li donis al mi.*

*Subigita de Lia bonvolegaj faroj, mi leviĝis por foriri. „La horo por vesperpreĝo alproksimiĝas," mi permesis al mi dire. „Mi promesis miajn amikojn, ke mi kuniĝos kun ili je tiu horo en la Masjid-i-Ílkhání." Ĝentilege kaj trankvile Li respondis: „Sendube vi aranĝis la horon de via reiro kondiĉe laŭ la volo kaj plaĉo de Dio. Ŝajnas, ke Lia volo dekretis alie. Ne timu, ke vi rompis vian promeson." Lia digno kaj aplombo silentigis min. Mi rekomencis miajn abluciojn kaj pretiĝis por la preĝo. Li ankaŭ staris aupd mi kaj preĝis. Preĝante, mi senŝarĝigis mian animon, kiu estis premegita kaj pro la mistero de ĉi tiu intervjuo kaj pro la penego kaj premo de mia serĉado. Mi flustris la jenan preĝon: „Mi penadis per mia tuta animo, ho mia Dio, kaj ĝis nun mi malsukcesis trovi Vian promesitan Senditon. Mi atestas, ke Via vorto ne maltrafas, kaj ke Via promeso estas certa."*

*Tiu nokto, tiu memorinda nokto, estis la antaŭvespero de la kvina tago de Jamádíyu'l-Avval, en la jaro 1260 p.H.[70] Estis ĉirkaŭ unu horo post sunsubiro, kiam mia junula Gastiganto komencis interparoli kun mi. „Kiun, post Siyyid*

---

68 Korano, 15:46

69 Temaĉino.

70 Ĉi tiu dato estas konforma al la vespero de la 22a de majo 1844 p.Kr. La 23a de majo estis ĵaŭdo.

*Káẓim," Li demandis min, „vi konsideras kiel lian posteulon kaj vian ĉefon?" „Ĉe la horo de sia morto," mi respondis, „nia mortinta instruanto insiste admonis, ke ni forlasu niajn hejmojn, disvastiĝu ĉien, serĉadante la promesitan Amaton. Tial mi vojaĝis Persujon, leviĝis por plenumi lian ordonon, kaj ankoraŭ okupiĝas je mia serĉado." „Ĉu via instruanto," Li plie demandis, „donis al vi iajn detalajn signojn pri la distingiloj de la Promesito" „Jes," mi respondis, „Li estas de pura deveno, de famega gento, de la idaro de Fáṭimih. Rilate al Lia aĝo, Li estas pli ol dudekjara kaj malpli ol tridekjara. Li estas dotita de ennaskita kompreno, Li estas mezalta, detenas sin de fumado kaj estas malembarasita de korpaj senperfektaĵoj." Li paŭzis tempospacon, kaj tiam kun vibranta voĉo Li deklaris: „Jen, ĉiuj ĉi tiuj signoj estas videblaj en Mi!" Tiam Li konsideris aparte ĉiun el la suprecititaj signoj kaj konvinkige pruvis, ke ĉiuj rilatas al Li. Mi miregis, kaj ĝentile diris: „Tiuj, kies alvenon ni atendas, estas Viro de nesuperebla sankteco, kaj la Afero, kiun Li malkaŝos, estas Afero de grandega potenco. Multaj kaj diversaj estas la postulaĵoj, kiujn devos plenumi Tiu, kiu pretendas esti ĝia videbla enkorpiĝo. Kiel multfoje Siyyid Káẓim aludis al la vasteco de la scio de la Promesito! Kiel multfoje li diris: »Mia propra scio estas nur guto kompare kun tiu, de kiu Li estas dotita. Mia tuta sciaĵo estas nur polvero en komparo kun la grandegeco de Lia scio. Ne, supermezura estas la diferenco!«" Tuj kiam tiuj vortoj aŭdiĝis de miaj lipoj, mi trovis min ekkaptita de timo kaj konsciencriproĉo, tiaj, kiajn mi povis nek kaŝi nek klarigi. Akre mi mallaŭdis min, kaj en tiu sama momento mi decidis ŝanĝi mian sintenadon kaj malseverigi mian voĉtonon. Mi promesis Dion, ke, se okaze mia Gastiganto denove aludus al la temo, plej humile mi respondus kaj dirus, „Se vi volas pruvi vian pretendon, vi tute sendube liberigos min de la maltrankvilo kaj necerteco, kiuj tiel forte premas mian animon. Mi vere ŝuldos al vi pro tia liberigo." Kiam mi unue komencis mian serĉadon, mi decidis konsideri la jenajn du postulaĵojn kiel tiujn, per kiuj mi povu konstati la veron de tiu, kiu pretendus esti la promesita Qá'im. La unua estis traktaĵo, kiun mi mem verkis, rilate al la malfacile kompreneblaj kaj kaŝitaj instruoj prezentitaj de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim. Kiu ajn ŝajnus al mi kapabla solvi la misterajn aludojn faritajn en tiu traktaĵo, al tiu mi tiam prezentus mian duan peton, ke li verku, sen la ajn hezito aŭ pripenso, komentarion pri la Súrih de Jozef, en stilo kaj lingvaĵo tute malegala al la ĝeneralaj modeloj de la tempo. Mi jam antaŭe petis al Siyyid Káẓim private, ke li verku komentarion pri tiu sama Súrih, kion li rifuzis fari, dirante: „Ĉi tio, vere, estas super mi. Li, tiu Eminentulo, kiu venos post mi, ĝin revelacios nepetite. Tiu komentario starigos unu el la plej gravaj atestoj pri Lia vereco kaj unu el la plej klaraj pruvoj de la alteco de Lia posteno."*[71]

*Mi estis pripensanta tiujn ĉi aferojn, kiam mia eminenta Gastiganto denove diris: „Rimarku atente. Ĉu la Persono intencita de Siyyid Káẓim povus esti iu alia krom Mi?" Post tio mi sentis min instigita prezenti al Li ekzempleron de la traktaĵo, kiun mi havis kun mi. „Ĉu vi legu tiun ĉi verkon mian," mi demandis Lin, „kaj rigardu ĝian paĝojn per toleremaj okuloj? Mi petas vin pardoni miajn mankojn kaj senkapablojn." Li afable konsentis je mia deziro. Li malfermis la libron, ekrigardis certajn eltiraĵojn, fermis ĝin, kaj komencis alparoli min. En la daŭro de kelkaj minutoj, kun karakterizaj forto kaj ĉarmo, Li klarigis ĉiujn ĝiajn misterojn kaj solvis ĉiujn ĝiajn problemojn. Tute kontentige plenuminte, dum tiel mallonga tempo, la taskon, kiun mi atendis, ke Li faru, Li plie klarigis al mi certajn verojn, kiuj ne troviĝas en la laŭdiraj sentencoj de la imámoj de la Kredo nek en la verkoj de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim. Ĉi tiuj veroj, kiujn mi neniam aŭdis antaŭe, ŝajnis esti dotitaj de refreŝiga brilegeco kaj potenco. „Se vi ne estus Mia gasto," Li poste diris, „via embaraso ja estus doloriga. Savis vin la ĉioenhava Difavoro. Apartenas al Dio provi siajn servantojn, kaj ne al Liaj servantoj juĝi Lin laŭ siaj mankaj modeloj. Se Mi malsukcesus solvi viajn embarasojn, ĉu oni povus konsideri senpova la Realon, kiu brilas en Mi, aŭ denunci Mian scion kiel nebonan? Ne, je la justeco de Dio! En ĉi tiu epoko, decas al la popoloj kaj nacioj de la oriento kaj de la okcidento, ke ili rapidu al ĉi tiu sojlo kaj strebu atingi ĉi tie la revivigan favoron de la Kompatema. Tiu, kiu hezitas, dolorige preterlasos la okazon. Ĉu la popoloj de la tero ne atestas, ke la fundamenta celo de sia kreo estas la ekkono kaj adorado de Dio? Decas al ili leviĝi tiel fervore kaj spontanee, kiel leviĝis vi, kaj serĉi neŝanceleble kaj seninterrompe sian promesitan Amaton." Tiam Li daŭrigis: „Nun estas la tempo por revelacii la komentarion pri la Súrih de Jozef." Li prenis sian plumon, kaj nekredeble rapide Li revelaciis la tutan Súrihon de Mulk, la unua ĉapitro de sia komentario pri la Súrih de Jozef. La subiga efekto de Lia skribmaniero estis plialtigita de la milda modulado de Lia voĉo, kiu akompanis Lian skribadon. Li ne interrompis eĉ dum unu memento la fluadon de la strofoj, kiuj fluis de Lia plumo. Li tute ne paŭzis ĝis la Súrih de Mulk estis finita. Mi sidis ensorĉita de Lia voĉo kaj la vasta potenco de Lia revelacio. Fine mi nevole stariĝis kaj petis permeson foriri. Ridetante, Li konsilis, ke mi sidiĝu, kaj diris, „Se vi foriros en tia stato, kiu ajn vidos vin sendube diros: »Ĉi tiu kompatinda junulo estas freneza.«" En tiu momento la horloĝo montris du horojn kaj dekunu minutojn post sunsubiro.*[72] *Tiu nokto, la antaŭvespero de la kvina tago de Jamádíyu'l-Avval, en la jaro 1260 p.H., estis konforma al la antaŭvespero de la sesdek kvina tago post Naw-rúz, kiu ankaŭ estis la antaŭvespero de la sesa tago de Khurdád, en la jaro Nahang. „Estonte" Li deklaris, „tiun ĉi nokton, eĉ tiun ĉi horon, oni solenos kiel unu el la plej grandaj kaj plej signifaj el ĉiuj festoj. Danku al Dio pro tio, ke Li afable helpis al vi atingi vian kordeziron, kaj pro tio, ke vi ektrinkis de la sigelita vino de Lia eldiro. »Bonege estas al tiuj, kiuj tion atingas. «*[73]*"*

---

[71] Oni diras, ke Mullá ḥusayn diris la jenon: „Unu tagon, dum mi estis sola kun la nun mortinta Siyyid (Káýim) en lia biblioteko, mi demandis, kial la Súriy-i-Yúsuf en la Korano titoliĝas »La Plej Bona el la historioj,« al kio li respondis, ke nun ne estas la ĝusta tempo por klarigi la kialon. Ĉi tiu okazaĵo restis kaŝita en mia spirito, kaj mi ne menciis ĝin al iu." („La Táríňľ-i-Jadíd", p. 39)

[72] La dato de la Malkaŝo estas determinita laŭ la jena eltiraĵo en la Persa Bayán (Váḥid 2, Báb 7): ˇGia komenco okazis tiam, kiam du horoj kaj dekunu minutoj (pasis) de la antaŭvespero de la kvina de Jamádíyu'l-Úlá, 1260 (p.H.), kiu estas la jaro 1270 de la misio (de Mahometo)." (Ĉitaĵo el manuskripta ekzemplero de la Bayán skribita per la mano de Siyyid ḥusayn, diktaskribisto kaj kunulo de Báb.)

[73] A.L.M. Nicolas citas la jenon el la Kitábu'l-ḥaramayn: „Vere la unua tago, en kiu la Spirito malsupreniris en la koron de ĉi tiu Sklavo, estis la 15a de la monato Rabí`u'l-Avval". („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", p.206, de A.L.M. Nicolas.)

*La trian horon post sunsubiro mia Gastiganto ordonis, ke oni servu la verspermanĝon. Tiu sama etiopa servanto denove aperis kaj provizis antaŭ nin la plej bongustajn manĝaĵojn. Tiu sankta manĝo refreŝigis kaj mian korpon kaj mian animon. En tiu horo, en la ĉeesto de mia Gastigango, mi sentis, kvazaŭ mi manĝus la fruktojn de Paradizo. Mi ne povis ne miri pri la moroj kaj la sindona zorgemo de tiu etiopa servanto, kies vivo mem ŝajnis esti aliigita per la regenerada influo de lia Majstro. Por la unua fojo mi tiam ekkomprenis la signifon de la jena ĉiekonata tradicia eldiro atribuita al Mahometo: „Mi preparis por la piaj kaj la justaj inter Miaj servantoj tion, kion la okulo ne vidis, la orelo ne aŭdis, nek la homa koro imagis." Se mia junula Gastiganto havus neniun alian pretendon al gloreco, ĉi tio estus sufiĉa – ke Li akceptis min kun tiaj gastameco kaj bonkoreco, kiujn, mi konvinkiĝis, neniu alia homo eblus elmontri.*

*Mi sidis ensorĉita de Lia eldiro, forgesema pri la horo kaj pri tiuj, kiuj atendis min. Subite la voko de la muezino, alvokante la kredantojn al sia matena preĝo, vekis min el la ekstaza stato, en kiun mi ŝajne enprofundiĝis. Ĉiuj ĝojegoj, ĉiuj neesprimeblaj gloroj, kiujn la Ĉiopova antaŭdifinas en sia Libro kiel la multvalorajn havaĵojn por la Paradizanoj – tiujn mi ŝajnis travivi tiun nokton. Ŝajnas al mi, ke mi estis en loko, pri kiu oni povus vere dire: „Tie nenia laborigado atingos nin, kaj tie nenia laciĝo trafos nin", „Nenian vanan paroladon oni aŭdos tie, nek ian mensogon, sed nur la krion, »Pacon! Pacon!«", „Ilia krio tie estos, »Gloro estu al Vi, ho Dio!« kaj ilia salutado tie estos, »Pacon!« kaj la fino de ilia krio estos, »Gloro estu al Dio, la Sinjoro de ĉiuj kreitoj!«"*[74]

*Dormo forflugis de mi tiun nokton. Mi estis ravita de la muziko de tiu voĉo, kiu altiĝis kaj malaltiĝis dum Li kantis; jen pleniĝante dum Li revelaciis versojn el la* Qayyúmu'l-Asmá',[75] *jen akirante spiritajn, delikatajn harmoniojn dum Li eldiris la preĝojn, kiujn Li estis revelacianta.*[76] *Ĉe la fino de ĉiu preĝo Li ripetis la jenan verson: „Tute ne estu al la gloro de la Sinjoro, la Ĉioglora, tio, kion Liaj kreitoj atribuas al Li! Kaj paco estu sur Liaj Senditoj! Kaj gloron al Dio, la Sinjoro de ĉiu kreitaĵoj!"*[77]

*Tiam Li alparolis min per la jenaj vortoj: „Ho vi, kiu estas la unua kredanto je Mi! Vere Mi diras, Mi estas* Báb, *la Pordo de Dio, kaj vi estas* Bábu'l-Báb, *la pordo de tiu Pordo. Dekok homoj devos komence, spontane kaj memvole, akcepti Min kaj ekkoni la veron de Mia Revelacio. Neantaŭsciigitaj kaj neinvititaj, ĉiu el ĉi tiuj devos serĉi aparte por trovi Min. Kaj kiam ilia nombro plenumiĝos, unu el ili devos esti elektita por akompani Min dum Mia pilgrimado al Mekko kaj Medino. Tie Mi transdonos la Revelacion de Dio al la* Sharíf *de Mekko. Tiam Mi reiros al* Kúfih, *kie denove, en la* Masjid *de tiu sankta urbo, Mi malkaŝos Lian Aferon. Estas devige, ke vi ne malsekretigu al viaj kunuloj nek al iu alia persono, tion, kion vi vidis kaj aŭdis. Okupiĝu en la* Masjid-i-Ílkhání *je preĝado kaj instruado. Mi ankaŭ kuniĝos tie kun vi dum kongregacia preĝo. Atentu, por ke via sintenado al Mi ne evidentigu la sekreton de via kredo. Daŭrigu tiujn ĉi okupiĝon kaj sintenadon ĝis nia foriro al* Ḥijáz. *Antaŭ ol ni foriros, ni difinos al ĉiu el la dekok homoj lian specialan mision, kaj ni forsendos ilin por plenumi sian taskon. Ni ordonos al ili instrui la Vorton de Dio kaj vivigi homajn animojn." Parolinte al mi tiujn ĉi vortojn, Li eksigis min el sia ĉeesto. Akompanante min ĝis la pordo de la domo, Li konfidis min al la protektado de Dio.*

*Ĉi tiu Revelacio, kiu tiel subite kaj ardege frapis min, venis kiel fulmofajro, kiu dum kelka tempo ŝajnis sensentigi mian konscion.*[78] *Mi estis blindigita de ĝia mirega brileco kaj subigita de ĝia premega forto. Ekscito, ĝojo, sankta timo, kaj miro profundanime kortuŝis min. Elstaraj inter ĉi tiuj emocioj estis sentoj de ĝojo kaj forto, kiuj ŝajnis aliigi min. Kiel malforta kaj senpova, kiel malkuraĝigita kaj timema, mi sentis min antaŭe! Tiam mi povis nek skribi nek marŝi, tiel tremema estis miaj manoj kaj piedoj. Nun, tamen, la ekkono de Lia Revelacio galvanigis mian animon. Mi sentis tian kuraĝon kaj potencon, ke, se leviĝus kontraŭ mi la mondo, ĉiuj ĝiaj popoloj kaj ĝiaj potenculoj, sola kaj sentima mi kontraŭstarus ilian ekatakon. La universo ŝajnis esti nur plenmano de polvo en mia premo. Mi ŝajnis esti la Voĉo de Gabriel personigita, vokanta al la tuta homaro: „Vekiĝu, ĉar jen! La Taglumo montiĝis. Leviĝu, ĉar Lia Afero estas malkaŝita. La pordo de Lia korfavoro estas tute malferma; envenu, ho popoloj de la mondo! Ĉar venis Tiu, kiu estas via Promesito!"*

*En tia stato mi forlasis Lian domon kaj kuniĝis kun miaj frato kaj nevo. Granda aro de la sekvantoj de* Shaykh Aḥmad, *kiuj aŭdis pri mia alveno, jam kunvenis en la* Masjidon-i-Ílkhání *por renkonti min. Fidela al la ordonoj de mia novetrovita Amato, mi tuj ekpretiĝis por plenumi Liajn dezirojn. Dum mi ekorganizis miajn klasojn kaj komencis plenumi miajn Diservojn, vasta homamaso iom post iom kunvenis ĉirkaŭ mi. Ekleziaj altranguloj kaj urbaj oficistoj*

---

[74] Citaĵoj el la Korano.

[75] Komentario pri la Súrih de Jozef, de Báb.

[76] „En la unua el ĉi tiuj liborj, Li estis precipe pia kaj mistika; en la dua, polemiko kaj dialektiko okupis neordinare grandan lokon, kaj la aŭskultantoj mire rimarkis, ke, en la ĉapitro de la Libro de Dio, kiun Li elektis, Li malkaŝis novajn signifojn, kiujn ĉis tiam neniu estis elpensinta, kaj precipe, ke Li eltiris el ĉi doktrinojn kaj sciigojn tute neatenditajn. Tio, kion oni ne tediĝis admiri, estis la eleganteco kaj la beleco de lq araba stilo uzita en tiuj verkoj. Baldaŭ ĉi tiuj verkoj havis admirantojn tre ardajn, kiuj kuraĝis preferi ilin ol la plej belajn eltiraĵojn el la Korano." („Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", p. 120, de la Comte de Gobineau.)

[77] Korano, 37:180.

[78] „Estas rakontite en la »Biḥáru'l-Anvár«, la »Aválim«, kaj la »Yanbú`« de Ṣádiq, filo de Mahometo, ke li parolis la jenajn vortojn: »La scio estas sep kaj dudek literoj. Ĉio, kion la Profetoj revelaciis, estas du literoj de tio. Ĉis nun neniu scias pli, ol tiujn ĉi du literojn. Sed kiam leviĝos la Qá'im, Li malkaŝigos la restantajn kvin kaj dudek literojn.« Pripensu: Li deklaris, ke la scio konsistas el sep kaj dudek literoj, kaj Li konsideris ĉiujn Profetojn, de Adam eĉ ĝis la »Sigelo«, kiel Klarigantojn de nur du literoj de tio, kaj kiel senditajn kun ĉi tiuj du literoj. Li ankaŭ diras, ke la Qá'im revelacios ĉiujn restantajn kvin kaj dudek literojn. Jen rigardu laŭ ĉi tiu eldiro, kiel glora kaj alta estas Lia posteno. Lia rango superas tion de ĉiuj Profetoj, kaj Lia Revelacio superegas la komprenon kaj konon de ĉiuj iliaj elektitoj." („The Kitáb-i-Íqán", p. 205.)

*ankaŭ venis viziti min. Ili miris pri la spirito, kiun miaj prelegoj evidentigis, ne sciante, ke la Fonto, el kiu fluas mia scio, estas neniu alia, ol Tiu, kies alvenon ili plejparte estis avide atendantaj.*

*Kelkafoje dum tiuj tagoj mi estis alvokita de* Báb *por viziti Lin. Li kutimis sendi nokte al la* masjid *tiun saman etiopan servanton, kiu portis al mi Lian plej aman komunikon de bonveno. Ĉiufoje, kiam mi vizitis Lin, mi pasigis la tutan nokton en Lia ĉeesto. Maldormema ĝis tagiĝo mi sidis ĉe Liaj piedoj, ensorĉita per la ĉarmo de Lia parolmaniero kaj forgesema pri la mondo kaj ĝiaj zorgoj kaj okupoj. Kiel rapide pasis tiuj karegaj horoj! Je tagiĝo mi nevoleme foriĝis el Lia ĉeesto. Kiel avide en tiuj tagoj mi atendis la alvenon de la vespero! Kun kiaj sentoj de malĝojo kaj bedaŭro mi vidis la tagiĝon! Dum unu el ĉi tiuj noktaj vizitoj mia Gastiganto alparolis min en la jenaj vortoj: „Morgaŭ alvenos dektri el viaj kunuloj. Elmontru al ĉiu el ili la plejan bonvolon. Ne forestu de ili, ĉar ili dediĉis sin al la serĉado de sia Amato. Preĝu al Dio, ke Li afable ebligu al ili iri sendanĝere sur tiu vojo, kiu estas pli mallarĝa, ol haro, kaj pli akra, ol glavo. Certajn inter ili Dio konsideros kiel siajn elektitajn kaj favoratajn disĉiplojn. Relate al aliaj, ili laŭiros la mezan vojon. La sorto de la ceteraj restos nekonata ĝis la horo, kiam malkaŝiĝos ĉio tio, kio estas kaŝita."*[79]

*Tiun saman matenon, je sunleviĝo, tuj post mia reveno el la hejmo de* Báb*,* Mullá `Alíy-i-Basṭámí*, akompanita de tiu jam signita al mi kunularo, alvenis ĉe la* Masjid-i-Ílkhání*. Mi tuj ekprovizis al ili ĉiujn necesbezonojn por ilia komforto. Unu nokton, kelkajn tagojn post ilia alveno,* Mullá `Alí*, kiel proparolanto pro siaj kunuloj, eligis sentojn, kiujn li ne povis plu subpremi. „Vi bone scias," li diris, „kiel granda estas nia konfidenco je vi. Ni sentas al vi tian lojalecon, ke, se vi pretendus esti la promesita* Qá'im*, ni ciuj senhezite submetiĝus. Obeemaj al via alvoko, ni forlasis niajn hejmojn kaj foriris por serĉadi nian promesitan Amaton. Vi estas la unua, kiu montris al ni ĉiuj tiun ĉi noblan ekzemplon. Ni sekvis viajn paŝosignojn. Ni decidis ne ĉesi niajn penojn ĝis ni trovos la Celon de nia serĉado. Ni sekvis vin tien ĉi, pretaj akcepti kiun ajn vi akceptos, en la espero rifuĝi en Lian protektadon kaj travivi sukcese la tumulton kaj maltrankvilon, kiuj devos distingi la lastan Horon. Kial ni nun vidas vin instruanta la homojn kaj gvidanta iliajn preĝojn kaj Diservojn tute trankvile? Tiuj signoj de maltrankvilo kaj atendado ŝajnis malaperi de via vizaĝo. Ni petas vin, diru al ni la kaŭzon, por ke ni ankaŭ estu liberigitaj de nia nuna stato de atendado kaj necerteco." „Viaj kunuloj,!" mi kviete diris, „kompreneble atribuus miajn pacon kaj trankvilecon al la plipotenco, kiun mi ŝajne akiris en ĉi tiu urbo. Tio tute ne estas la vero. Mi certigas vin, ke la mondo kun ĉiuj ĝiaj pompo kaj delogoj neniam logos tiun ĉi* ḥusayn*on de* Bushrúyih *for de lia Amato. De la tempo, kiam mi komencis tiun ĉi sanktan entreprenon, mi ĵurpromesis sigeli per mia vivosango mian propran sorton. Pro Li mi akceptis trempon en oceanon de aflikto. Mi ne sopiras la aferojn de ĉi tiu mondo. Mi deziregas nur la bonplaĉon de mia Amato. La fajro, kiu ardas en mi, ne estingiĝos ĝis mi estos verŝinta mian sangon pro Lia nomo. Plaĉu al Dio, ke vi ĝisvivu vidi tiun tagon. Ĉu ne estus supozeble al viaj kunuloj, ke Dio, en sia senlima favorkoreco, afable bonvolis malŝlosi la Pordon de sia favoro antaŭ la vizaĝo de* Mullá ḥusayn *pro la profundeco de lia sopiro kaj la konstanteco de liaj penadoj, kaj, ke, dezirante kaŝi tiun ĉi fakton laŭ sia nedivenebla saĝo, Li ordonis, ke li tiel okupiĝu?" Ĉi tiuj vortoj kortuŝis la animon de* Mullá `Alí*. Li tuj komprenis ilian signifon. Larmplene li petegis, ke mi malkaŝu la identecon de Tiu, kiu pacigis mian maltrankvilon kaj ŝanĝis mian korpremecon en certecon. „Mi solene petegas," li diris, „ke vi donacu al mi iom da tiu sankta trinkaĵo, kiun la Mano de favorkoreco donis al vi por trinki, ĉar ĝi certe moderigos mian soifon kaj trankviligos la dolorsopiron en mia koro." „Ne petegu," mi respondis, „ke mi donacu al vi tiun ĉi favoron. Via fido estu je Li, ĉar Li certe gvidados viajn paŝojn kaj kvietigos la tumulton de via koro."«"*

Mullá `Alí rapidis al siaj kunuloj kaj sciigis ilin pri la esenco de sia konversacio kun Mullá ḥusayn. Flamantaj pro la fajro, kiun la rakonto de tiu konversacio ekbruligis en iliaj koroj, ili tuj disiĝis kaj, soliĝinte en siajn ĉambretojn, per fastado kaj preĝoj ili petegis la fruan forprenon de la vualo, kiu intervenis inter ili kaj la ekkono pri ilia Amato. Ili preĝis dum la maldormaj horoj: „Ho Dio, nia Dio! Nur Vin ni adoras, kaj al Vi ni porkrias helpon. Gvidadu nin, ni petegas Vin, laŭ la rekta Vojo, ho Sinjoro nia Dio! Plenumu tion, kion Vi promesis al ni pere de Viaj Apostoloj, kaj ne hontigu nin en la Tago de Revivigo. Vere, Vi ne rompos Vian promeson."

La trian nokton de sia soleco, dum li estis profunde preĝanta, Mullá `Alíy-i-Basṭámí vidis vizion. Antaŭ liaj okuloj aperis lumo, kaj jen! Tiu lumo formoviĝis antaŭ li. Logita per ĝia brileco, li sekvis ĝin ĝis fine ĝi kondukis lin al lia promesita Amato. Tiun saman horon, dum la noktomeza maldormo, li leviĝis kaj, ĝojega kaj radianta pro feliĉego, li malfermis la pordon de sia ĉambro kaj rapidis al Mullá ḥusayn. Li ĵetis sin en la brakojn de sia respektegata kunulo. Mullá ḥusayn plej ame ĉirkaŭprenis lin kaj diris: *„Gloro estu al Dio, kiu gvidis nin tien ĉi! Ni ne estus gvidataj se Dio ne gvidadus nin!"*

Tiun saman matenon, je tagiĝo, Mullá ḥusayn, sekvata de Mullá `Alí, rapidis al la loĝejo de Báb. Ĉe la enirejo de Lia domo ili renkontis la fidelan etiopan servanton, kiu tuj rekonis ilin kaj salutis ilin per la jenaj vortoj: *„Antaŭ tagiĝo mi estis alvokita al la ĉeesto de mia majstro, kiu ordonis, ke mi malfermu la pordon de la domo kaj atendu ĉe ĝia sojlo. »Du gastoj,« Li diris, »alvenos hodiaŭ frumatene. Transdonu al ili varman bonvenon en Mia nomo. Diru al ili pro Mi: „Envenu en la nomo de Dio."«"*

---

[79] „"Komprenu sammaniere la komenciĝon de la revelacio de la Bayán: dum kvardek tagoj neniu krom la litero Sin kredis je la litero B. Núr iom post iom la literoj Bismi'lláhu'l-Amna'u'l-Aqdas vestis sin per la robo de la kredo, ĝis plenumiĝis la Origina Unueco. Vidu sekve, kiel ĝi sin multobligadas ĝis nun." („La Persa Bayán", vol.4 4, p. 119.)

La unua kunveno de Mullá `Alí kun Báb, kiu estis analoga al la kunveno kun Mullá ḥusayn, diferencis nur en la jena rilato, ke, kvankam ĉe la antaŭa kunveno la pruvoj kaj atestoj de la misio de Báb estis kritikeme esploritaj kaj klarigitaj, ĉe ĉi tiu kunveno ĉiuj argumentoj estis flankenmetitaj, kaj nenio superregis krom la spirito de profunda adorado kaj intima kaj arda kuneco. La tuta ĉambro ŝajnis esti vivigita de tiu ĉiela potenco, kiu devenis de Lia enspirita eldiro. Ĉio en tiu ĉambro ŝajnis vibri pro tiu atesto: „Vere, vere, nova Tago komenciĝas. La promesito estas entronigita en homaj koroj. En la mano Li tenas la mistikan pokalon, la kaliko de senmorteco. Benitaj estas tiuj, kiuj trinkas el ĝi!”

Ĉiu el la dekdu kunuloj de Mullá `Alí, siavice kaj per siaj propraj nehelpataj penoj, serĉis kaj trovis sian Amaton. Kelkaj dum dormo, aliaj dum maldormo, kelkaj dum preĝo, kaj ankoraŭ aliaj dum pripensadaj momentoj, sentis la lumon de ĉi tiu Dia Revelacio kaj estis inklinigitaj ekkoni la potencon de ĝia gloro. Same kiel Mullá `Alí, ĉi tiuj kaj kelkaj aliaj, akompanataj de Mullá ḥusayn, atingis la ĉeeston de Báb kaj estis deklaritaj *„Literoj de la Vivanto.”* Deksep Literoj iom post iom enskribiĝis en la gardatan Tabuleton de Dio, kaj ili estis difinitaj kiel la elektitaj Apostoloj de Báb, la servantoj de Lia Kredo kaj la dissemantoj de Lia lumo.Unu nokton, dum konversacio kun Mullá ḥusayn, Báb parolis la jenajn vortojn: *„Deksep Literoj jam varbiĝis sub la standardo de la Kredo de Dio. Restas ankoraŭ unu por kompletigi la nombron. Ĉi tiuj Literoj de la Vivanto leviĝos por proklami Mian Aferon kaj firmigi Mian Kredon. Morgaŭ vespere alvenos la cetera Litero, kiu kompletigos la nombron de Miaj elektitaj disĉiploj.”* La sekvintan vesperon, dum Báb, sekvata de Mullá ḥusayn, estis reiranta al sia hejmo, aperis junulo malordigita kaj vojaĝmakulita. Li alproksimiĝis al Mullá ḥusayn, ĉirkaŭprenis lin kaj demandis, ĉu li jam atingis sian celon. Mullá ḥusayn unue provis kvietigi lian maltrankvilon kaj konsilis, ke li ripozu momenton, promesante, ke poste li sciigos lin. Tamen, tiu junulo rifuzis priatenti lian konsilon. Fikse rigardante Bábon, li diris al Mullá ḥusayn,: *„Kial vi provas kaŝi Lin de mi? Mi rekonas Lin laŭ Lia paŝmaniero. Mi konfedeme atestas, ke neniu krom Li, ĉu oriente aŭ okcidente, povas pretendi estie la Vero. Neniu alia povas evidentigi la potencon kaj majeston, kiuj radias el Lia sankta personeco.”* Mullá ḥusayn miris pri liaj vortoj. Tamen, li pardonpetis, kaj igis lin deteni sian emocion ĝis la tempo, kiam li povu siigi la veron. Forirante, li rapidis kuniĝi kun Báb, kaj sciigis Lin pri lia konversacio kun tiu junulo. *„Ne miru pri lia stranga konduto,”* diris Báb. *„En la mondo de la spirito Ni estis interkomunikantaj kun tiu junulo. Ni jam konas lin. Ni ja atendis lian alvenon. Iru al li kaj alvoku lin tuj al Nia ĉeesto.”* Ĉi tiuj vortoj de Báb rememorigis Mullá ḥusaynon pri la jena tradicia eldiro: *„En la lasta Tago la Nevidatoj trairos la vastecon de la tero per flugiloj de la spirito, atingos la ĉeeston de la promesita Qá'im, kaj serĉos de Li la sekreton, kiu solvos iliajn problemojn kaj forigos iliajn embarasojn.”*

Kvankam korpe ili estas malproksime, ĉi tiuj heroaj homoj okupiĝas je ĉiutaga interrilato kun sia Amato, partoprenas la malŝparemon de Liaj eldiroj kaj la superegan privilegion de Lia kuneco. Alie, kiel Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim estus sciintaj pri Báb? Kiel ili povus senti la gravecon de la sekreto kaŝita en Li? Kiel Báb mem, kaj Quddús, Lia amata disĉiplo, estus skribintaj tiamaniere, se la mistika ligilo de la spirito ne kunigis iliajn animojn? En la plej fruaj tagoj de sia Misio, ĉu ne Báb aludis en la malfermaj frazoj de la Qayyúmu'l-Asmá', Lia komentario pri la Súrih de Jozef, al la gloro kaj graveco de la Revelacio de Bahá'u'lláh? Per tio, ke Li longe skribis pri la sendankeco kaj malico, kiuj karakterizis la konduton al Jozef de siaj fratoj, ĉu ne estis Lia intenco antaŭdiri tion, kion Bahá'u'lláh estis destinita suferi pro siaj frato kaj parencaro? Kvankam Quddús estis sieĝata de la batalionoj kaj pafado de senkompata malamiko en la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí, ĉu li ne okupiĝis, kaj tage kaj nokte, je la kompletigo de sia laŭdego pri Bahá'u'lláh – tiu senmorta komentario pri la Sád de ṣamad, kiu jam prenis sur sin la amplekson de kvincent mil versoj? Ĉiu verso en la Qayyúmu'l-Asmá', ĉiu vorto en la antaŭcitita komentario de Quddús, se ili estos senpartie esploritaj, elokvente atestos tiun ĉi veron.

Kiam Quddús akceptis la veron pri la Revelacio de Báb, tiam kompletiĝis la difinita nombro de Liaj elektitaj disĉiploj. Quddús, kiel nomo estis Muḥammad-`Alí, estis flanke de sia patrino rekta ido de la Imám ḥasan, nepo de la Profeto Mahometo.[80] Li naskiĝis en Bárfurúsh, en la provinco Mázindarán. Tiuj, kiuj ĉeestis la prelegojn de Siyyid Káẓim, diras, ke, dum la lastaj jaroj de ĉi ties vivperiodo, Quddús enskribiĝis kiel unu el la disĉiploj de la Siyyid. Li ĉiam alvenis laste kaj okupis la plej humilan sidejon en la kunsido. Ĉe la fino de ĉiu kunveno li foriris la unua. Lia silentado kaj lia modesta konduto kiferencigis lin de liaj ceteraj kunuloj. Oni aŭdis Siyyid Káẓimon ofte diri, ke certaj inter liaj disĉiploj, kvankam ili okupas la plej humilajn sidejojn kaj plej konscience silentadas, tamen estas tiel altigitaj en la okuloj de Dio, ke li mem sentas sin malinda rangi inter iliaj servantoj. Liaj disĉiploj, kvankam ili rimarkis la humilecon de Quddús kaj atestis la imitindan karakteron de lia konduto, tamen ne komprenis la celon de Siyyid Káẓim. Kiam Quddús alvenis en Shírázon kaj akceptis la Kredon deklaritan de Báb, li estis nur dudek-du-jara. Kvankam li estis juna, tamen li elmontris tiujn nesubigeblajn kuraĝon kaj fidelon, kiujn neniuj inter la disĉiploj de lia majstro povis superi. Per siaj vivo kaj glora martiriĝo li ekzempligis la veron de la jena tradicio: *„Kiu ajn serĉos Min, tiu trovos Min. Kiu ajn trovos Min, tiu estos allogata al Mi. Kiu ajn alproksimiĝos al Mi, tiu amos Min. Kiu ajn amos Min, tiun Mi ankaŭ amos. Kiu ajn estos amata de Mi, tiun Mi mortigos. Kiu ajn estos mortigita de Mi, tiun Mi mem elaĉetos.”*

---

[80] Laŭ la „Kašľfu'l-Řľiṭá'”, la patro de Quddús mortis kelkajn jarojn antaŭ la Malkaěo de Báb. Je la morto de la patro, Quddús ankoraŭ estis knabo studanta en Mašľhad en la lernejo de Mírzá Ja`far. (P.227, noto 1.)

Báb, kies nomo estis Siyyid `Alí-Muḥammad,[81] naskiĝis en la urbo Shíráz, la unuan tagon de Muḥarram en la jaro 1235 p.H.[82] Li apartenis al familio, kiu estis glora pro sia nobleco kaj kiu devenis de mahometo mem. La dato de Lia naskiĝo certigis la veron de la antaŭdiro tradicie atribuita al la Imám `Alí: *„Mi estas du jarojn pli juna, ol mia Sinjoro.”* Dudek kvin jaroj, kvar monatoj, kaj kvar tagoj forpasis de la tago de Lia naskiĝo, kiam Li deklaris sian Mision. En sia frua infaneco Li perdis sian patron Siyyid Muḥammad-Riḍá,[83] viro, kiu estis konata tute tra la provinco Fárs pro sia pieco kaj virto, kaj li estis alte estimata kaj honorigata. Liaj gepatroj estis idoj de la Profeto, kaj ambaŭ estis amataj kaj respektataj de la homoj. Li estis edukita de sia patrinflanka onklo, ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, martiro en la Kredo, kiu enskribis Lin,kiel infanon, sub la kuratorecon de instruisto nomata Shaykh `Ábid.[84] Báb kvankam Li ne emis studi, tamen cedis sin al la volo kaj ordonoj de sia onklo.

Shaykh `Ábid, konata de siaj lernantoj kiel Shaykhuná, estis viro pia kaj klera. Li estis disĉiplo kaj de Shaykh Aḥmad kaj de Siyyid Káẓim. *„Unu tagon,”* li rakontis, *„mi petis al Báb reciti la malfermajn vortojn de la Korano: »Bismi'lláhi'r-Raḥmáni'r-Raḥím.«*[85] *Li hezitis, respondante, ke, se oni ne komprenigus al Li tiujn ĉi vortojn, Li tute ne provus elparoli ilin. Mi pretekstis ne scii ilian signifon. »Mi scias, kion signifas ĉi tiuj vortoj,« diris mia lernanto; »permesu, ke Mi klarigu ilin.« Li parolis tiel erudicie kaj flue, ke mi miregis. Li klarigis la signifojn de »Alláh,« de »Raḥmán,« kaj »Raḥím,« en tiaj vortoj, kiujn mi nek legis nek aŭdis. Mi ankoraŭ memoras la dolĉecon de Lia parolmaniero. Mi sentis min instigita rekonduki Lin al Lia onklo kaj transdoni en liajn manojn la Konfidaĵon, kiun li konfidis al mia kuratoreco. Mi decidis diri al li, kiel mi sentas min malinda instrui tian rimarkindan infanon. Mi trovis Lian onkon sola en lia oficejo. »Mi rekondukis Lin al vi,« mi diris, »kaj mi konfidas Lin al via atenta protektado. Li ne estu konsiderata kiel simpla infano, ĉar mi jam vidas en Li signojn de tiu mistera potenco, kiun nur la Revelacio de la Ṣáḥibu'z-Zamán*[86] *povos malkaŝi. Estas devige, ke vi ĉirkaŭu Lin per via plej amema kuratoreco. Li restuĉe vi, ĉar vere, Li ne bezonas tiajn instruistojn, kia estas mi.« ḥájí Mírzá Siyyid `Alí severe riproĉis Bábon. »Ĉu Vi forgesis miajn instruojn?« li diris. »Ĉu mi jam ne admonis, ke Vi imitu la ekzemplon de Viaj kunlernantoj, ke Vi silentu kaj aŭskultu atente al ĉiu vorto parolata de Via instruisto?« Akirinte Lian promeson obei fidele al liaj instruoj, li ordonis al Báb reiri al sia lernejo. Tamen, la severaj admonoj de Lia onklo ne povis brodi la animon de tiu infano. Nenia disciplino povis subpremi la fluadon de Lia intuitiva scio. Tagon post tago li daŭre elmontris tiel rimarkindajn signojn de superhoma saĝo, ke mi estas senpova rakonti ilin.”* Fine Lia onklo decidis forkonduki Lin el la lernejo de Shaykh `Ábid kaj kunigi Lin kun si en sia profesio.[87] Ankaŭ tie Li elmontris signojn de tiaj potenco kaj grandanimeco, kiujn nemultaj kapablis atingi kaj neniuj povis superi.

Kelkajn jarojn poste[88] Báb edziĝis kun la fratino de Mírzá Siyyid ḥasan kaj Mírzá Abu'l-Qásim.[89] La infanon, kiu naskiĝis de ĉi tiu edziĝo, Li nomis Aḥmad.[90] Li mortis en la jaro 1259 p.H.,[91] la jaro antaŭ la deklaro de Báb pri la

---

[81] Li estas konata ankaŭ laŭ la jenaj titoloj:
Siyyid-i-Ďľikr
`Abdu'ďľ-Ďľikr
Bábu'lláh
Nuqṭiy-i-Úlá
ṭal`at-i-A`lá
ḥađrat-i-A`lá
Rabb-i-A`lá
Nuqṭiy-i-Bayán
Siyyid-i-Báb

[82] 20. Oktobro, 1819 p.Kr.

[83] Laŭ Mírzá Abu'l-Fađl (manuskripto pri historio de la Afero, p.3) Báb estis ankoraŭ infano kaj ankoraŭ ne estis demamigita, kiam Lia patro mortis.

[84] Laŭ Mírzá Abu'l-Fađl (manuskripto, p. 41) Báb havis ses aŭ sep jarojn, kiam Li enregistris sin en la lernejon de Šľayňľ `Ábid. La lernejo estis konata laŭ la nomo „Qahviyih-Awlíyá”. Báb restadis dum kvin jaroj őe tiu lernajo, kie oni instruis al Li la perslingvajn rudimentojn. La unuan tagon de la monato Rabí`u'l-Avval, en la jaro 1257 p.H., Li foriris al Najaf kaj Karbilá, revenante sep monatojn poste al sia naskiăprovinco Fárs.

[85] En la nomo de Dio, la Kompatema, la Favorkora.

[86] „Sinjoro de la Epoko”, unu el la titoloj de la promesita Qá'im.

[87] Laŭ la historio de ḥájí Mu`ínu's-Salṭanih (p.37(, en la frua aăo de dudek jaroj Báb prenis sur sin la sendependan direktadon de siaj komercaj aferoj. „Orfiăinte en sia infaneco, Li estis konfidita al la kuratoreco de sia patrinflanka onklo, Áqá Siyyid `Alí, sub kies gvidado Li okupiăis je la sama komerco, je kiu antaůe okupiăis lia patro (tio estas, mercerkomerco).” („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, p.189, de A.L.M. Nicolas.)

[88] Laŭ la historio de ḥájí Mu`ínu's-Salṭanih (p.37) la edziăo de Báb okazis, kiam Li estis dudek-du-jara.

[89] Báb aludas al ĕi en sia komentario pri la Súrih de Jozef (Súrih de Qarábat). Jen estas la menciita eltiraŕo tradukita de A.L.M. nicolas: „Vere! Mi fianőiăis antaŭ la trono de Dio kun ṣárá, tio estas, kun la plej amata. Őar plej amata devenas de Plej Amata (La Plej Amata estas mahometo. Tio signifas, ke ṣárá estis siyyid). Vere, Mi elektis la anăelojn de la őieloj kaj la loăantojn de Paradizo kiel atestantojn de ői tiu gefianőiăo. Sciu, ke la favoro de la Superbela Ďľikr estas granda, ho Plej Amata! Őar tio estas favoro, kiu venas de Dio, la Amata! Vi ja ne estas kiel ordinara virino, se vi obeas Dion rilate al la Superbela Ďľikr! Sciu la senliman verecon de la Superbela Saăo Eterna kaj fieru pro tio, ke vi sidas kun la Amiko, kiu estas la Karega de Dio Altega. Certe, la gloro venas al vi de Dio, la Saăa. Paciencu en la ordono, kiu venas de Dio rilate al Báb kaj Lia familio, Kaj vere, via filo Aḥmad havas rifuăejon en benita paradizo, apud glora Fáṭimih.” (Antaůparolo al „La Persa Bayán”, vol. 2, pp.10-11, de A.L.M. Nicolas.) „La vidvino de Báb postvivis ăis p.H. 1300 (1882-83).” (Ŕurnalo de la Reăa Azia Societo, 1889, artikolo 12, p. 993.) Ambaů estis filoj de Mírzá `Alí, kiu estis patroflanka onklo de la patrino de Báb. Mírzá Muḥsin kaj Mírzá Hadí, respektive filo kaj nepo de Mírzá Siyyid ḥasan kaj Mírzá Abu'l-Qásim, iăis bofiloj de `Abdu'l-Bahá.

[90] Báb aludas al sia filo en sia komentario pri la Súrih de Jozef. Jen estas la traduko de A.L.M. Nicolas: „Vere, via filo Aḥmad havas rifuăejon en benita Paradizo, apud glora Fáṭimih.” (Súrih de Qarábat.) „Gloro estu al Dio, kiu vere donis al la Ăojo de la Okuloj en ĕia juneco infanon

Kredo. La Patro ne lamentis sian perdon. Li konsekris lian morton per tiaj vortoj, kaj la jenaj: *„Ho Dio, mia Dio! Ke mil Iŝmaeloj estu donacitaj al Mi, ĉi tiu Via Abraham, po ke Mi estus povinta oferi ilin ĉiujn kiel karajn ofereĵojn al Vi. Ho mia Amato, mia Kordeziro! La ofero de ĉi tiu Aḥmad, kiun Via servanto `Alí-Muḥammad oferis sur la altaro de Via amo, neniam sufiĉos por estingi la flamon de sopiro en Lia koro. Ĝis kiam Li oferbuĉos sian propran koron ĉe Viaj piedoj, ĝis kiam Lia tuta korpo viktimiĝos pro la plej kruela tiraneco sur Via vojo, ĝis kiam Lia brusto fariĝos celtabulo por sennombraj pikiloj pro Vi, ĝis tiam ne kvietiĝos la tumulto de Lia animo. Ho mia Dio, mia sola Deziro! Permesu, ke la ofero de Mia flo, Mia sola filo, estu akceptebla al Vi. Permesu, ke ĝi estu preludo al la ofero de mia propra, Mia tuta memo, sur la vojo de Via monplaĉo. Ĉirkaŭu per Via favoro Mian vivosangon, kiun Mi deziras disverŝi sur Via vojo. Ĝi akvumu kaj nutru la semon de Via kredo. Donacu al ĝi Vian ĉielan potencon, por ke ĉi tiu juneca semo de Dio baldaŭ ĝermu en la koroj de homoj, por ke ĝi kresku kaj prosperu, por ke ĝi fariĝu forta arbo, en kies ombro ĉiuj popoloj kaj parencaroj de la tero povu kuniĝi. Respondu al Mi preĝo, ho dio, kaj plenumu Mian plej karan deziron. Vi estas vere la Ĉiopova, la Favorega."* [92]

La tagojn, en kiuj Báb okupiĝis je komercaj aferoj, Li pasigis plejparte en Búshihr.[93] La sufokeca varmego de somero ne detenis Lin de pasigado de kelkaj horoj ĉiuvendrede en daŭra Diservo sur la tegmento de sia domo. Kvankam Li elmetadis sin al la fortegaj radioj de la tagmeza suno, Li direktis sian koron al sia Amato kaj daŭrigis interkomuniki kun Li, nerimarkante la varmegon kaj forgesante la mondon ĉirkaŭ si. De frua tagiĝo ĝis sunleviĝo, kaj de tagmezo ĝis malfrua posttagmezo, Li dediĉis sian tempon al meditado kaj pia adorado. Ĉiutagiĝe, rigardante norden en la direkto de ṭihrán, kun koro plenega de amo kaj ĝojo Li salutis la leviĝantan sunon, kiu por Li estis signo kaj simbolo de tiu Suno de Vero, kiu estis baldaŭ leviĝonta sur la mondon. Kiel amanto rigardadas la vizaĝon de sia maegatino, tiel Li rigardadis la leviĝantan astron kun konstanteco kaj sopiro. Li ŝajnis alparoli tiun brilan lumibilon per mistikaj vortoj kaj konfidi al ĝi sian komunikon de sopiro kaj amo por sia kaŝita Amato. Li salutis ĝiajn radiojn kun tiel ĝojega ravo, ke la neatentuloj kaj nesciantoj opiniis, ke Li estas enamigita de la suno men.[94]

Mi aŭdis ḥájí Siyyid Javád-i-Karbilá'íon[95] rakonti la jenon: *„Vojaĝante al Hindujo, mi travojaĝis Búshihron. Ĉar mi jam konis ḥájí Mírzá Siyyid `Alíon, ebliĝis al mi kelkafoje renkonti Bábon. Ĉiam, kiam mi renkontis Lin, mi trovis Lin en tia stato de ega humileco, ke mi ne kapablas priskribi ĝin. Liaj mallevitaj okuloj, Lia treega ĝentileco kaj Lia serena vizaĝmaniero neforigeble impresis mian animon.[96] Mi ofte aŭdis tiujn, kiuj intime kunestis kun Li, atesti la purecon de Lia karaktero, la ĉarmon de Lia moroj, Lian abnegacion, Lian altan honestecon kaj Lian egan sindonon al Dio.[97] Certa viro transdonis konfidaĵon al Lia kuratoreco, petante, ke Li disponu ĝin je fiksita prezo. Kiam Báb sendis al li la monon por tiu artikolo, la viro trovis, ke la monsumo, kiu estis proponita al li, sufiĉe multe superis la limon, kiun li estis fiksinta. Li tuj skribis al Báb, petante, ke Li klarigu la aferon. Báb respondis: »Tio, kion Mi sendis al vi, tute apartenas al vi. Ne estas unu penckvarono pli, ol tio, kion vi rajtas havi. Estis tempo, kiam la konfidaĵo, kiun vi transdonis al Mi, atingis tiun ĉi valoron. Malsukcesinte vendi ĝin je tiu prezo, Mi sentas min devigata proponi al vi tiun tutan monsumon.« Kiom ajn la kliento de Báb petegis Lin reericevi la troan monsumon, Báb persiste rifuzis.*

---

nomitan Aḥmad. Kaj vere, tiun ői infanon ni dediőis al Dio!" (Súrih de `Abd.) (Antaůparolo al „La Persa Bayán", vo.2, p.11, de A.L.M. Nicolas.)

[91] 1843 p.Kr.

[92] „En la aăo de 17 jaroj Li foriris el Šľíráz al Búšľihr kaj restis tie kvin jarojn, okupiăante je komercaj aferoj. Dun ői tiu tempo Li gajnis, pro siaj honesteco kaj pieco, la estimon de őiuj komercistoj, kiujn Li renkontis. Li estis treege atentema pri siaj religiaj devoj kaj donacis grandajn monsumojn al bonfarado. Foje Li donacis 70 tumanojn (őirkaů $22) al malriőa najbaro." (Aldonaŕo 2a de Táríňľ-i-Jadíd: Historio de ḥájí Mírzá Jání, pp. 343-4.)

[93] „Li estis jam meditema kaj pliăustadire silentema, dum Lia bela vizaăo, la brilo de Lia regardo, kiel ankaů Lia modesta kaj preăema sintenado, eő de tiu tempo altiris la atenton de siaj samurbanoj. Kvankam Li estis ankoraů tre juna, tamen religiaj temoj nevenkeble allogis Lin, őar en la aăo de 19 jaroj Li verkis sian unuan verkon, »La Risáliy-i-Fiqhíyyih«, en kiu Li evidentigas veran piecon kaj amelverěadon por Islámo, kiuj ěajnis antaůsigni brilan estonton por Li en ěiana ortodokseco. Estas kredeble, ke ői tiu verko estis verkita en Búšľihr, őar kiam Li havis 18 aů 19 jarojn Lia onklo sendis Lin tien pro komercaj aferoj." („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", pp.189-90, de A.L.M. Nicolas.)

[94] „Socie Li plivole konversaciis kun la kleruloj aů aůskultis la rakontojn de la vojaăantoj, kiuj vizitadis tiun ői komercan urbon; pro tio oni ăenerale konsideris Lin kiel unu el la sektanoj de ṭaríqat, kiujn la homoj multe respektis." (Řurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.335.)

[95] „La Kašľfu'l-Řľiṭá'" donas la jenajn detalojn pri tiu rimarkinda persono: „ḥájí Siyyid Javád mem informis min, ke li estas loăanto de Karbilá, ke liaj kuzoj estas őiekonataj inter la elstarantaj ulemoj kaj mujtahidoj en tiu urbo kaj apartenas al la sekto Itľná-`Ašľarí de ěiana Islámo. En sia juneco li konatiăis kun Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í, sed li neniam kunsideriăis kiel lia disőiplo. Tamen, li estis fervora sekvanto kaj subtenanto de Siyyid Káýim kaj rangis inter liaj őefaj aliăintoj. Li konatiăis kun Báb en Šľíráz, longe antaů la dato de ői ties malkaěo. Li vidis Lin kelkafoje, kiam Báb estis nur ok.-aů naůjara, en la domo de Lia patrinflanka onklo. Poste li renkontis Lin en Búšľihr kaj restis őirkaů ses monatojn en la sama ňľán, kie estis loăantaj Báb kaj Lia patrinflanka onklo. Mullá `Alíy-i-Basṭámí, unu el al Literoj de la Vivanto, konatigis lin pri la Revelacio de Báb dum li estis en Karbilá, el kiu urbo li iris al Šľíráz por pli bone informi sin pri la karaktero de Lia Revelacio." (Pp. 55-7.)

[96] „Báb posedis mildan kaj bonvolan vizaăon, liaj moroj estis trankvilaj kaj dignaj, lia elokventeco estis impresiga, kaj li skribis rapide kaj bone." („Ekvidoj pri Vivmaniero kaj Moroj en persujo", p. 178, de Lady Sheil.)

[97] „Silentema, őiam okupata je religiaj devoj, kun ege modestaj moroj, kun őarma mildeco, kaj plialtigante tiujn ői naturdotojn per sia treega juneco kaj la mirinda őarmo de sia vizaăo, Li altiris őirkaů si certan nombron da edifitaj personoj. Tiam oni komencis prikonversacii Lian scion kaj la sagacan elokventecon de Liaj prelegoj. Tiuj, kiuj konis Lin, certigas, ke sufiőis, ke Li nur malfermu la buěon, kaj őiuj kortuěiăis profundanime. Cetere, dum Li parolis kun profunda respektego pri la Profeto, la imámoj kaj iliaj snaktaj kunuloj, Li carmis la senidulgajn ortodoksulojn, dum samtempe, en la pli intimaj konversacioj, la fervoraj kaj malkvietaj homoj ăojis pro tio, ke en Lia publika deklaro rilate al la tradiciaj opinioj, ili ne trovis en Li tiun necedemon, kiu estus tedinta ilin. Kontraůe, Lia konversacio malfermis por ili őiujn horizontojn senlimajn, multflankajn, diverskolorajn, misteraujn, ombritajn kaj disepunktitajn de blindiga lumo, kiu facile transportis tiujn imagemajn personojn en staton de ekstazo." („Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", p.118, de la Comte de Gobineau.)

*Kun kia diligenta atento Li ĉeestis tiujn kunvenojn, ĉe kiuj oni laŭdegis la virtojn de la* Siyyidu'sh-Shuhadá', *la* Imám ḥusayn*! Kiel atente Li aŭskultis la kantadon de la laŭdoj! Kian kortuŝecon kaj sindonon Li elmontris ĉe la lokoj de lamentado kaj preĝo! Larmoj fluis el Liaj okuloj dum Liaj tremantaj lipoj murmuris vortojn de preĝo kaj laŭdo. Kiel potenca estis Lia digno, kiel kortuŝaj la sentoj, kiujn Lia vizaĝo inspiris!"*

Rilate al tiuj, kiuj havis la superan privilegion esti enskribitaj de Báb en la Libron de Lia Revelacio kiel Liaj elektitaj Literoj de la Vivanto, iliaj nomoj estas jene:

Mullá ḥusayn-i-Bushrú'í,

Muḥammad-ḥasan, lia frato,

Muḥammad-Báqir, lia nevo,

Mullá `Alíy-i-Basṭámí,

Mullá Khudá-Bakhsh-i-Qúchání, poste nomita Mullá `Alí,

Mullá ḥasan-i-Bajistání,

Siyyid ḥusayn-i-Yazdí,

Mírzá Muḥammad Rawḍih-Khán-i-Yazdí,

Sa`íd-i-Hindí,

Mullá Maḥmúd-i-Khu'i,

Mullá Jalíl-i-Urúmí,

Mullá Aḥmad-i-Ibdál-i-Marághi'í,

Mullá Báqir-i-Tabrízí,

Mullá Yúsif-i-Ardibílí,

Mírzá ḥádí, filo de Mullá `Abdu'l-Vahháb-i-Qazvíní,

Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Qazvíní,[98]

ṭáhirih,[99]

Quddús.

Ĉiuj tiuj, kun la sola escepto de ṭáhirih, atingis la ĉeeston de Báb kaj estis persone konsekritaj de Li kun la distingo de ĉi tiu posteno. Sciiĝinte pri la intencata foriro el Qazvín de Mírzá Muḥammad-`Alí, edzo de sia fratino, ŝi konfidis al li sigelitan leteron, petante, ke li transdonu ĝin al tiu Promesito, kiun, ŝi diris, li nepre renkontos dum sia vojaĝo. *„Diru al Li de mi,"* ŝi aldonis, *„»La brilego de Via vizaĝo ellumis, kaj la radioj de Via vizaĝo suprenleviĝis. Tiam parolu la vorton, „ĉu Mi ne estas via Sinjoro?" kaj „Vi estas, Vi estas!" ni ĉiuj respondos«"*[100]

Mírzá Muḥammad-`Alí fine renkontis kaj ekkonis Bábon kaj transdonis al Li la leteron kaj la komunikon de ṭáhirih. Báb tuj deklaris ŝin unu el la Literoj de la Vivanto. Ŝia patro, ḥájí Mullá ṣáliḥ-i-Qazvíní, kaj lia frato, Mullá Taqí, estis

[98] Laŭ Samandar, unu el la unuaj kredantoj en Qazvín (manuskripto, p. 15), la fratino de ṭáhirih, Marđíyyih, estis la edzino de Mírzá Muḥammad-`Alí, kiu estis unu el la Literoj de la Vivanto9 kaj suferis martiriĉon ŏe Šľayňľ ṭabarsí. Ĕajnas, ke Marđíyyih ekkonis kaj akceptis la Revelacion de Báb (p.5). Mírzá Muḥammad-`Alí estis filo de ḥájí Mullá `Abdu'l-Vahháb,, al kiu Báb skribis Tabuleton dum Li estis en la ŏirkaŭaƒo de Qazvín.

[99] Laŭ la „Memoraƒoj de la Kredantoj" (pp.291-89), ṭáhirih havis du filojn kaj unu filinon, neniu el kiuj ekkonis la veron de la Afero. Tia estis la grado de ĕiaj erudicio kaj scio, ke ĕia patro, ḥájí Mullá ṣáliḥ, ofte esprimis sian bedaŭron en la jenaj vortoj: „Ke ĕi estus estinta knabo, ŏar li honorigus mian domanaron kaj estus postveninta min!" Ĕi konatiĉis kun la verkaƒoj de Šľayňľ Aḥmad dum ĕi estis restanta en la hejmo de sia kuzo, Mullá Javád, el kies biblioteko ĕi prunteprenis tiujn ŏi librojn kaj transprenis ilin ŏe si. Ĕia patro furioze kontraŭstaris ĕian agon, kaj dum koleraj diskutoj kun ĕi li denuncis kaj kritikis la instruojn de Šľayňľ Aḥmad. ṭáhirih rifuzis priatenti la konsilojn de sia patro kaj sekrete korespondadis kun Siyyid Káýim, kiu donis al ĕi la nomon „Qurratu'l-`Ayn". La titolon „ṭáhirih" oni unue aligis al ĕia nomo dum ĕi restis en Badašľt, kaj poste ăi estis aprobita de Báb. El Qazvín ĕi foriris al Karbilá, esperante renkonti Siyyid Káýimon, sed ĕi alvenis tro malfrue, ŏar la Siyyid mortis jam dek tagojn antaŭ ĕia alveno. Ĕi kuniĉis kun la kunuloj de la mortinta ŏefo kaj pasigis sian tempon en preĉo kaj meditado, avide atendante la aperon de Tiu, kies alvenon Siyyid Káýim antaŭdiris. Dum ĕi estis en tiu urbo, ĕi sonĉis sonĉon. Junulo, Siyyid, portante nigran mantelon kaj verdan turbanon, aperis antaŭ ĕi en la ŏuielo, kaj kun levitaj manoj li estis recitanta certajn versojn, unu el kiuj ĕi notis en sian liborn. Ĕi vekiĉis de sia sonĉo treege impresita per sia stranga travivaƒo,. Kiam poste atingis ĕin ekzemplero de la „Aḥsanu'l-Qiṣaṣ", la komentario de Báb pri la Súrih de Jozef, je sia ĉojego ĕi ektrovis en tiu libro tiun saman verson, kiun ĕi aŭdis en sia sonĉo. Tiu ektrovo certigis ĕin pri la vero de la Revelacio, kiun la aŭtoro de tiu verko proklamis. Ĕi mem entreprenis la persan tradukon de la „Aḥsanu'l-Qiṣaṣ", kaj ĕi pleje penis por ăia disvastigo kaj klarigo. Dum tri monatoj ĕia domo en Karbilá estis sieĉata de la gardistoj, al kiuj la Guberniestro ordonis, ke ili atentu kaj malebligu ĕian kuneston kun la loĉantoj. El Karbilá ĕi iris al Baťľdád kaj loĉis kelkatempe en la domo de Šľayňľ Muḥammad-i-Šľibl, el kiu loko ĕi translokigis sian liĉejon al alia kvartalo, kaj fine oni kondukis ĕin al la hejmo de la Muftí, kie ĕi restis ŏirkaŭ tri monatojn.

[100] Laŭ la „Kašľfu'l-Řľiṭá'" (p.93), ṭáhirih sciiĉis pri la Revelacio de Báb pere de Mullá `Alíy-i-Basṭámí, kiu vizitis Karbiláon en la jaro 1260 p.H., post sia reveno el Šľíráz.

ambaŭ tre eminentaj mujtahidoj,[101] lertajen la tradicioj de la mahometanaj instruoj kaj ĉie respektataj de la homoj de ṭihrán, Qazvín kaj aliaj ĉefurboj de Persujo. Ŝi edziniĝis kun Mullá Muḥammad, filo de Mullá Taqí, ŝia onklo, kiun la ŝianoj nomis Shahíd-i-Thálith.[102] Kvankam ŝia familio apartenis al la Bálá-Sarí, tamen ṭáhirih sola jam de la komenco, montris rimarkindajn kunsenton kaj sindonon al Siyyid Káẓim. Kiel atestaĵo de sia persona admiro por li, ŝi skribis defendan kaj pravigan apologion pri la instruoj de Shaykh Aḥmad kaj donacis ĝin al li. Al ĉi tio ŝi baldaŭ ricevis respondon esprimitan en la plej korinklinaj vortoj, en kies malfermaj frazoj la Siyyid tiele alskribis ŝin: *„Ho vi, konsolo de miaj okuloj (*Yá Qurrat-i-`Ayní*!), kaj ĝojo de mia koro!”* De tiam oni konas ŝin kiel Qurratu'l-`Ayn. Post la historia kunveno de Badasht, aro de la ĉeestintoj tiel miregis pri la sentimo kaj malkaŝema parolmaniero de tiu heroino, ke ili sentis sin devigataj sciigi Bábon pri la karaktero de ŝia miriga kaj senekzempla konduto. Ili penadis malbonigi la purecon de ŝia nomo. Al iliaj denuncoj Báb respondis: *„Kion Mi diru pri tiu, kiun la Lango de Povo kaj Gloro nomis* ṭáhirih *(la Purulino)?”* Ĉi tiuj vortoj sufiĉis por silentigi tiujn, kiuj penis malfortigi ŝian rangon. De tiam la kredantoj nomis ŝin ṭáhirih.[103] Nun estus bone klarigi la esprimon Bálá-Sarí. Kiam ajn ili vizitis la sanktejon de la Imám ḥusayn

---

[101] „Unu el la plej noblaj familioj de Qazvín, tio estas, la plej noblaj tiom pro la altaj rangoj, kiujn iliaj diversaj anoj okupis en la eklezia hierarĥio, kiom pro ilia bona reputacio pri scio, estis sendube la familio de ḥájí Mullá ṣáliḥ-i-Baraqání. Li havis fraton, Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Baraqání, kiu ricevis post sia morto la titolon »Šľahíd-i-Ťľáliťľ«, tio estas, tria martiro. Ni denove pritraktos iometa ilian historion, por bone komprenigi ne nur ilian rolon en la religiaj malpacoj de Persujo, sed ankaŭ ilian rolon en la katastrofo, kiu neeviteble estis naskonta la altfierecon kaj la malhumilecon de la frato de Mullá ṣáliḥ. Kiam la glora mujtahid Áqá Siyyid Muḥammad alvenis al Qazvín, iu demandis al li ĉu ḥájí Mullá ṣáliḥ-i-Baraqání estas mujtahid? »Certe,« respondis la Siyyid, kaj tio des pli, ĉar ṣáliḥ estas unu el liaj estintaj disĉiploj, kiuj poste atente aŭskultis la instruojn de Áqá Siyyid `Alí. »Bonege,« respondis lia interparolanto, »sed ĉu lia frato Muḥammad-Taqí ankaŭ indas tiun sanktan titolon?« Kiel respondo, Áqá Siyyid Muḥammad laŭdis la ecojn kaj scion de Taqí, sed li evitis respondi precize al la rekta demando, kiun oni faris al li. Tio ne malhelpis la demandinton disvastigi la onidiron tute tra la urbo, ke Siyyid Muḥammad mem oficiale akceptis la majstrecon de Taqí, ke ĉi tiu estis deklarita mujtahid en lia ĉeesto. Nu, Siyyid Muḥammad estis loĝanta ĉe unu el siaj kolegoj, ḥájí Mullá `Abdu'l-Vahháb. Ĉi tiu baldaŭ sciiĝis pri la tiel disvastigita onidiro, kaj li venigis ĉe si la interparolinton de la Siyyid kaj malmilde kaj severe admonis lin en la ĉeesto de atestantoj. Kompreneble, la famo de ĉi tiu interveno, pli detaligita de buŝo al buŝo, fine atingis la orelojn de Taqí, kiu, efektive kolerega, nur diris, kiam ajn la nomo de Mullá `Abdu'l-Vahháb frapis siajn orelojn: »Mi estimas lin nur pro tio, ke li estas la filo de mia amata majstro.« Siyyid Muḥammad, informita pri ĉiuj tiuj okazaĵoj kaj ĉiuj tiuj famoj, konkludante, ke li tute malĝojigis la koron de Taqí, venis unu tagon por inviti lin al la tagmanĝo, multe superŝutis lin per honorfavoro, skribis al li lian diplomon mujtahidan, kaj en tiu sama tago akompanis lin en la moskeon, kaj kiam la preĝo finiĝis, li sidiĝis sur la ŝtuparon de la katedro, de kie li laŭdis Taqíon kaj konfirmis lin en lian novan altrangan oficon antaŭ la tuta ĉeestantaro. Nu, iom pli poste Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í estis travojaĝanta tra Qazvín. Ĉi tiu eminentulo, konata kiel la tre pia verkinto de la Qiṣaṣu'l-`Ulamá', estis deklarita malpia pro tio, ke li volis kompari la filozofion kun la religia leĝo, »kaj la tuta mondo scias, ke plej ofte la deziro miksi la intelekton kun la religia leĝo estas neebla.« Tio estu kiel okazos, Šľayňľ Aḥmad altiĝis super siaj samtempuloj, kaj multaj personoj samopiniis kun li. Li havis sektanojn en ĉiuj urboj de persujo, kaj la ŝaho Fatḥ-`Alí traktis lin kun granda estimo, kvankam ŝajnas, ke Áňľúnd Mullá `Alí diris pri li: »Li estas malklerulo kun pura koro.« Dun sia travojaĝo tra Qazvín li loĝis en la domo de Mullá `Abdu'l-Vahháb, kiu de nun fariĝis malamiko de la familio Baraqání. Li kutimis preĝi en la paroĥa moskeo, kaj la ulemoj de Qazvín venis tien por preĝi sub lia gvidado. Kompreneble, li redonis al ĉi tiuj sanktuloj ĉiujn vizitojn kaj ĉiujn afablecojn, kiujn li ricevis. Li estis treege ŝatata de ili, kaj baldaŭ ne estis mistero al iu, ke lia gastiganto estas unu el liaj disĉiploj. Unu tagon li iris al la domo de ḥájí Mullá Taqíy-i-Baraqání, kiu akceptis lin kun ĉiuj mienoj de plej profunda estimo, sed profitis lian ĉeeston por fari al li kelkajn insidajn demandojn. »Rilate al la revivigo de la mortintoj en la juĝotago,« li demandis lin, »ĉu via opinio similas tiun de Mullá ṣadrá? « »Ne,« diris Šľayňľ Aḥmad. Tiam Taqí, alparolante sian plej junan fraton, »ḥájí Mullá `Alí, diris al li, „Iru en mian bibliotekon kaj alportu al mi la Šľaváhid-i-Rubúbíyyihon de Mullá ṣadrá.” Tiam, dum ḥájí Mullá malrapidis reveni, Taqí diris al sia interparolanto: „Kvankam mi ne kunsentas kun vi pri ĉi tiu temo, tamen mi scivolas koni vian opinion pri ĉi tiu afero.” La Šľayňľ respondis: „Nenio estas pli facila. Laŭ mi. La revivigo ne okazos al nia materia korpo, sed al ĝia esenco; kaj mi nomas esencon, ekzemple, la vitron, kiu estas iĝebla en la ŝtono.” „Pardonu,” rediris Taqí malice, „sed ĉi tiu esenco estas alia, ol la materia korpo, kaj vi scias, ke en nia sankta religio estas dogmo kredi je la revivigo de la materia korpo.” La Šľayňľ kompreneble mirkonsternetiĝis, kaj unu el liaj disĉiploj, naskiĝinto de Turkistán, vane volis deturni la konversacion per diskuto, kiu verŝajne estus longdaŭra, sed la bato efikis, kaj Šľayňľ Aḥmad foriĝis, konvinkiĝinte, ke li kompromitis sin. Li baldaŭ ekrimarkis, ke lia konversacio estis intence denuncrakontita de Taqí, ĉar la saman tagon, kiam li iris al la moskeo por preĝi, nur `Abdu'l-Vahháb sekvis lin. La malpaco sekve ŝajnis plimalboniĝi, sed `Abdu'l-Vahháb, opiniante, ke li trovis la eblon forigi ĉiujn malfacilaĵojn, mumile petegis sian majstron verki kaj publikigi traktaĵon, en kiu ĉi tiu asertu la revivigon de la materia korpo Li ne pensis pri la malamo de Taqí. Šľayňľ Aḥmad efektive verkis tiun ĉi traktaĵon, kiu ankoraŭ troviĝas en lia volumo titolita Ajvibatu'l-Masá'il, sed neniu volis legi ĝin, kaj la klarĉo pri lia malpieco plivastiĝis ĉiutage. La situacio fariĝis tiel, ke la guberniestro de la urbo, princo `Alí-Naqí Mírzá Ruknu'd-Dawlih, pripensante la gravecon de la eminentuloj implikataj en la disputo kaj timante esti akuzita, ke li malzorge lasis ŝermi la malakordon, decidis efektivigi akordon. Unu nokton li invitis al ceremonia festeno ĉiujn famegajn ulemojn de la urbo. Šľayňľ Aḥmad havis la unuan lokon, kaj proksime al li, apartigita de nur unu eminentulo, sidis Taqí. Oni alportis telerojn preparitajn por tri personoj tiamaniere, ke la du malamikoj devis kune manĝi. Sed Taqí, tute malcedema, turnis sin dekstren al la telero de siaj najbaroj kaj, je la granda indigno de la princo, metis sian maldekstran manon antaŭ la maldekstran parton de sia vizaĝo tiel, ke lia rigardo ne renkontus, eĉ nevole, la vizaĝon de Šľayňľ Aḥmad. Post la manĝo, kiu estis iom malĝoja, la princo, persistante en sia ideo repacigi la du malamikojn, multe laŭdis Šľayňľ Aḥmadon, dirante, ke li estas la plej glora doktoro araba kaj persa, ke Taqí certe devas montri al li la plej grandan respekton, kaj ke ne decas, ke li atentu la onidirojn de homoj, kiuj volas kaŭzi militon inter du eminentaj saĝuloj. Taqí furioze interrompis kaj deklaris en voĉo de superega malestimo: „Povas esti nenia paco inter malpieco kaj kredo: rilate al la revivigo, la Šľayňľ havas koktrionon kontraŭan al la islámaj instruoj. Nu, tiu, kiu kredas je tiu doktrino, estas malpiulo. Kio pobus esti komuna inter ribelanto kaj mi?” Kiom ajn la princo insistis, petis Taqí obstinegis pri sia opinio, kaj la kunsido finiĝis.«” („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, pp.263-7, de A.L.M. Nicolas.)

[102] Third Martyr

[103] „Mullá ṣáliḥ havis inter siaj infanoj filinon, Zarrín-Táj - krono de oro - kiu altiris atenton al si de sia plej juna infaneco. Anstataŭ okupiĝi je ludoj kaj amuzaĵoj, kiel ŝiaj samaĝulinoj, ŝi pasigis multajn horojn aŭskultante la pridogmajn konversaciojn de siaj gepatroj. Ŝia ennaskita komprenpovo rapide perceptis la konfuzamasaĵon de la isláma scienco sen cedi sin al ĝi, kaj baldaŭ ŝi povis diskuti la plej konfuzajn kaj malklarajn punktojn. La tradicioj (ḥadíoj) ne havis plu sekretojn por ŝi. Ŝia reputacio rapidege disvastiĝis en la urbo, kaj ŝiaj samurbanoj konsideris ŝin, tute prave, kiel miregindulinon. Miregindulino de scio, sed ankaŭ miregindulino de beleco; ĉar la maturanta knabino fariĝis junulino, kies vizaĝo radiis tiel ĝojradian belecon, ke oni nomis ŝin per la alnomo Qurratu'l-`Ayn - kiun vorton s-ro de Gobineau tradukas »konsolo de la okuloj«. Ŝia frato, `Abdu'l-Vahháb-i-Qazvíní, kiu heredis la scion kaj reputacion de sia patro, mem rakontis, kvankam li restis mahometano almenaŭ ŝajne: »Ni ĉiuj, ŝiaj fratoj, ŝiaj kuzoj, ne kuraĝis paroli en ŝia ĉeesto, tiel timigis nin ŝia scio, kaj se ne ja kuraĝis esprimi hipotezon pri punkto de diskutata doktrino, ŝi tiel klare, tiel precize kaj tiel nediskuteble elpruvis al nii, ke ni vojeraras, ke ni foriĝis tute konfuzitaj.« Ŝi ĉeestis la prelegojn de siaj patro kaj onklo en la sama ĉambro, kie ĉeestis du-aŭ tricent studantoj, sed kaŝita malantaŭ kurteno, kaj pli ol unu fojon ŝi refutis la klarigojn, kiujn tiuj du maljunuloj proponis pri tia aŭ tia temo. Ŝia reputacio iĝis grandega tra klerulara persujo, kaj la plej altfieraj ulemoj konsentis uzi kelkajn el ŝiaj hipotezoj aŭ opinioj. Ĉi tiu afero estis tiom pli rimarkinda, ĉar la nahometana religio ŝiana malaltigas la virinojn preskaŭ ĝis la besta rango. Ŝi ne havas animon kaj preskaŭ ekzistas nur por naskado. Kiam ŝi estis ankoraŭ juna ŝi edziniĝis kun Muḥammad-i-Qazvíní, filo de sia onko, kiu estis la Imám Jum`ih de la urbo, kaj poste ŝi iris al Karbilá, kie ŝi ĉeestis la lecionojn de Siyyid Káýim-i-Rašľtí. Ŝi fervore partoprenis la ideojn de sia majstro, ideoj, kiujn ŝi tamen jam sciis, ĉar Qazvín fariĝis la centro de la Šľayňľaj doktrinoj. Kiel ni vidos poste, ŝi havis ardan temperamenton, puran kaj klarvidan komprenpovon, mirindan aplombon kaj neflekseblan kuraĝon. Ĉiuj ĉi tiuj ecoj kune igis, ke ŝi interesiĝu je Báb, kiun ŝi aŭdis paroli tuj post ŝia reveno en Qazvínon. Tio, pri kio ŝi sciiĝis, tiel multe interesis ŝin, ke ŝi komencis korespondi kun la Reformanto, kaj baldaŭ konvikita de Li, ŝi konigis sian konvertiĝon urbi et orbi. La skandalo

en Karbilá, kiel signo de respektego Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim, kiel ankaŭ iliaj sekvantoj, ĉiam okupis la malsupran parton de la tombo. Ili neniam transiris ĝin, kvankam aliaj preĝantoj, la Bálá-Sarí, preĝis siajn preĝojn en la supra parto de tiu sanktejo. La shaykhanoj, kiuj kredis, *„ke ĉiu vera kredanto vivas kaj en ĉi tiu mondo kaj en la venonta,"* opiniis, ke ne estus dece kaj konvene transpasi la limojn de la malsupraj partoj de la sanktejo de la Imám ḥusayn, kiu estis al ili la enkorpiĝo mem de la plej perfekta kredanto.[104]

Tuj kiam Báb decidis foriri el Shíráz, Mullá ḥusayn, kiu atendis esti Lia elektita kunulo dum ties pilgrimado al Mekko kaj Medino, estis alvokita al la ĉeesto de sia majstro, kiu ordonis lin jene: *„Alproksimiĝas la finaj tagoj de nia kuneco. Mia Interligo kun vi estas plenumita. Streĉu vian penadon kaj leviĝu por dissemi Mian Aferon. Ne konsterniĝu pri la degenereco kaj perverseco de ĉi tiu generacio, ĉar la Sinjoro de la Interligo certe helpos vin. Vere, Li ĉirkaŭos vin per sia ama protektado kaj kondukos vin de venko al venko. Trairo la landon de limo ĝis limo, kaj ĝuste kiel la nubo, kiu verŝas sian bonfaremon sur la teron, tiel surŝutu ĝiajn homojn per tiuj benoj, kiujn la Ĉiopova kompateme bonvolis donaci al vi. Ne kverelu kun la ulemoj kaj submetiĝu al la volo de Dio. Laŭte kriu: »Vekiĝu, vekiĝu, ĉar jen! La Pordo de Dio estas malferma, kaj la matena Lumo radias sur la tutan homaron! La Promesito malkaŝiĝis; pretigu la vojon por Li, ho popoloj de la mondo! Ne senigu vin de ĝia sava favoro nek fermu viajn okulojn antaŭ ĝia brilega gloro!« Al tiuj, kiujn vi trovos akceptemaj je via alvoko, konfidu la epistolojn kaj tabuletojn, kiujn Ni revelaciis al vi, por ke ĉi tiuj mirindaj vortoj eble instigu al ili deturni sin de la ŝlimejo de senatento kaj alten flugi en la regnon de la Dia ĉeesto. Ni elektis Quddúson kiel Nian kunulon dum ĉi tiu pilgrimado, kiun Ni baldaŭ entreprenos. Ni postlasis vin por kontraŭstari la atakon de furioza kaj senkompata malamiko. Tamen, estu certigita, ke bono neesprimeble glora estos donacita al vi. Vojaĝu norden, kaj survoje vizitu Iṣfáhánon, Káshánon, Qumon kaj ṭihránon. Petegu la ĉiopovan Providencon, ke Li afable ebligu al vi atingi en tiu ĉefurbo la tronon de vera supereco kaj eniri la domegon de la Amato. Sekreto estas kaŝita en tiu urbo. Malkaŝite, ĝi ŝanĝos la teron en paradizon. Mia espero estas, ke vi partoprenu ĝian favoron kaj ekkonu ĝian brilecon. El ṭihrán iru al Khurásán kaj tie proklamu denove la Alvokon. El tie reiru al Najaf kaj Karbilá kaj tie atendu la alvokon de via Sinjoro. Estu certigita, ke vi plenumos entute la altan mision, por kiu vi estis kreita. Eĉ se ĉiuj pikiloj de nekredema mondo celoĝos kontraŭ vin, ĝis vi estos fininta vian laboron ili estos senpovaj difekti unuopan haron de via kapo. Ĉio enteniĝas en Lia potenca premteno. Li veree estas la Ĉiopova, la Ĉiovenkanta."*

Báb tiam alvokis al si Mullá `Alíy-i-Basṭámíon kaj parolis al li kuraĝigajn kaj favorajn vortojn. Li ordonis lin iri rekte al Najaf kaj Karbilá, aludis al la severaj suferoj kaj afliktoj, kiuj okazos al li, kaj konsilis, ke li estu konstanta ĝis la fino. *„Via fido,"* Li diris al li, *„estu senmova kiel roko, elportu ĉiun ŝtormon kaj travivu ĉiun aflikton. Ne permesu, ke la denuncoj de la malsaĝaj kaj la kalumnioj de la pastraro afliktu vin aŭ deturnu vin de via celo. Ĉar vi estas alvokita partopreni la ĉielan festenon preparitan por vi en la senmorta Regno. Vi estas la unua foriranto el la Domo de Dio, la unua suferanto pro Li. Se vi estos mortigita sur Lia vojo, memoru, ke granda estos via rekompenco kaj bonega la donaco, kiuj donaciĝos al vi."*

Tuj kiam ĉi tiuj vortoj estis eldiritaj, Mullá `Alí leviĝis de sia sidejo kaj ekiris por plenumi sian mision. Ĉirkaŭ farsangon de Shíráz li estis kuratingita de ekscitita junulo, kiu malpacience petis paroli al li. Lia nomo estis `Abdu'l-Vahháb. *„Mi petegas,"* li larmeme petegis al Mullá `Alí, *„ke vi permesu al mi akompani vin dum via vojaĝo. Embarasoj subpremas mian koron; mi petas vin gvidadi miajn paŝojn sur la vojo de Vero. Hieraŭ nokte, en mia songô, mi aŭdis la anonciston anonci en la vendeja strato de Shíráz la aperon de la Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj. Li kriis al la popolamaso: »Leviĝu kaj serĉu lin. Jen, li prenas el la brulanta fajro ĉartojn de libereco kaj disdonas ilin al la homoj. Rapidu al li, ĉar kiu ajn ricevos ilin de liaj manoj estos sendanĝera kontraŭ punsuferado, kaj kiu ajn ne akiros ilin de li estos senigita je la benoj de Paradizo.« Tuj kiam mi aŭdis la voĉon de la anoncisto, mi leviĝis, kaj forlasante mian butikon, mi transkuris la vendejan straton Vakíl al loko, kie miaj okuloj vidis vin starantan kaj disdonantan tiujn samajn ĉartojn al la homoj. Al ĉiu, kiu alproksimiĝis por ricevi ilin de viaj manoj, vi flustris en lian orelon kelkajn vortojn, kiuj tuj igis lin forkuri konsternite kaj ekkrii: »Ve al mi, ĉar mi estas senigita je la benoj de `Alí kaj lia parencaro! Ha mizera mi, ke mi troviĝas inter la elpelitaj kaj pekemaj!« Mi vekiĝis el mia songô, kaj enpensiĝe mi reatingis mian butikon. Subite mi vidis vin preteriri, akompanatan de viro, kiu portis turbanon, kaj kiu estis konversacianta kun vi. Mi eksaltis de mia sidejo, kaj instigita de forto, kiun mi ne povis subpremi, mi rapidis kuratingi vin. Je mia tuta mirego mi trovis vin starantan en la sama loko, kiun mi vidis en mia songô, okupiĝantan je la recito de tradicioj kaj versoj. Starante flanke, de malproksime mi observadis vin, tute nerimarkite de vi kaj via amiko. Mi aŭdis la viron, al kiu vi estis parolanta, protesti malkvietege: »Estas pli facile por mi esti forbruligata de inferaj flamoj, ol akcepti la veron de viaj vortoj, kies ŝarĝon montoj estas senpovaj subteni!« Al lia malestiminda rifuzo vi jena respondis: »Se la tuta universo malkonfesus Lian veron, ĝi neniam malbonigus la sanktan purecon de Lia majesteca robo.« Foriĝinte de li, vi turnis vin al la pordego Kázirán. Mi sekvadis vin ĝis mi atingis tiun ĉi lokon."*

---

estis grandega, kaj la ekleziularo konsterniăis. Vane ĕia edzo, ĕia patro, ĕiaj fratoj petegis ĕin forlasi tiun ői danăeran malsaăaŕon, ĕi restis nefleksebla kaj laŭte proklamis sian kredon." („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", pp. 273-4, de A.L.M. Nicolas.)

[104] „Tiun ői nomon oni donas al ili," diras ḥájí Karím Ňľán en sia Hidáyatu'ṭ-ṭálibín, „pro tiuj ardo kaj respekto por la imámoj, kun kiuj Šľayňľ Aḥmad, estante en karbila dum siaj pilgrimadoj en la sanktejojn, preăis siajn preăojn dum li staris malantaů la Imám, tio estas, őe Liaj piedoj, Efektive, por li ne estis diferenco inter mortinta imám kaj vivanta imám koncerne la respekton, kiun oni devas montri. La persoj, kontraůe, enirinte en la tombon, tuj stariăis őe la kapo de la Imám, kaj sekve ili turnis la dorson al li dum preăo, őar la mortintaj sanktuloj estas enterigitaj kapon al la Qiblih. Tio estas indignidaŕo kaj malveraŕo! La apostolojn de Jesuo, kiuj pretendis veni helpi Dion, oni nomis »Naṣárá,« nono, kiu estis donita al őiuj, kiuj iris laů iliaj paĕosignoj. Sammaniere, la nomo Bálá-Sarí signifas őiujn, kiuj sekvis la dogmon de tiuj, kiuj preăas starantaj őe la kapo de la Imám." („Disertacio pri Šľayňľismo," I, antaůparolo, pp. 5-6, de A.L.M. Nicloas.)

Mullá `Alí penis kvietigi lian maltrankvilan koron kaj influi lin, ke li reiru al sia butiko kaj rekomencu sian taglaboron. *„Via kuniĝo kun mi,"* li kontraŭdiris, *„implikus min en malfacilaĵojn. Reiru al* Shíráz *kaj estu certita pro tio, ke vi estas konsiderata kiel unu el la savitoj. Tute ne estu la justeco de Dio deteni de tiel arda kaj sindona serĉadanto la pokalon de sia favoro aŭ senigi tiel soifan homon je la ondegplena oceano de sia Revelacio."* La vortoj de Mullá `Alí pruviĝis malsukcesaj. Ju pli li insistis, ke `Abdu'l-Vahháb reiru, des pli laŭtiĝis ĉi ties malĝojo kaj plorado. Mullá `Alí fine sentis sin devigita konsenti je lia deziro, submetiĝante al la volo de Dio.

Oni ofte aŭdis ḥájí `Abdu'l-Majídon, patro de `Abdu'l-Vahháb, rakonti kun larmplenaj okuloj la jenan historion: *„Kiel profunde,"* li diris, *„mi bedaŭras la faron, kiun mi faris. Preĝu, ke Dio pardonu mian pekon. Mi estis inter la favoratoj en la kortego de la filoj de la* Farmán-Farmá*, la guberniestro de la provinco* Fárs*. Tia estis mia ofico, ke neniuj kuraĝis kontraŭi aŭ malutili min. Neniu esprimis dubon pri mia aŭtoritato aŭ koraĝis interrompi miajn rajtojn. Tuj kiam mi aŭdis, ke mia filo* `Abdu'l-Vahháb *forlasis sian butikon kaj foriris el la urbo, mi elkuris al la pordego* Kázirán *por kuratingi lin. Armita per bastonego, per kiu mi intencis bati lin, mi faris demandojn pri la vojo, laŭ kiu li iris. Oni diris al mi, ke viro portanta turbanon ĵus transiris la straton, kaj ke oni vidis mian filon sekvi lin. Ŝajne ili kunsentis kune forlasi la urbon. Ĉi tio ekscitis miajn koleron kaj indignon. Kiel mi toleru, mi pensis al mi, tian malkonvenan konduton flanke de mia filo, mi, kiu jam okupas tiel distingindan oficon en la kortego de la filoj de la* Farmán-Farmá*? Nenio krom la plej severa puno, mi sentis, povus forviŝi la impreson de la malhonora konduto de mia fiko.*

*Mi daŭrigis mian serĉon ĝis mi atingis ilin. Kaptita de furioza kolerego, mi suferigis sur* Mullá `Alí*on neesprimeblajn vundojn. Al la batoj, kiuj multpeze superfalis lin, kun eksterordinara trankvileco li respondis jene: »Haltitu vian manon, ho* `Abdu'l-Majíd*, ĉar la okulo de Dio observas vin. Li estas mia atestanto, ke mi neniel respondecas la konduton de via filo. Mi ne atentas la turmentegojn, kiujn vi suferigas sur min, ĉar mi staras preta por la plej doloriĝaj afliktoj sur la vojo, kiun mi elektis laŭiri. Kiel guto kompare kun la oceano, tiel estas miaj vundoj kompare kun tio, kio estas destinita okazi al mi estonte. Vere, mi diras, vi postvivos min, kaj fine vi ekkonos mian senkulpecon. Tiam granda estos via memriproĉo kaj profunda via malĝojo. « Mokante liajn vortojn kaj neatentante lian petegon, mi daŭre batis lin ĝis mi tutlaciĝis. Silente kaj heroe li elportis tiun tute nemeritītan punon miaflankan. Fine mi ordonis al mia filo sekvi min, kaj ni lasis* Mullá `Alí*on sola.*

*Reirante al* Shíráz*, mia filo rakontis al mi la sonĝon, kiun li sonĝis. Sento de profunda bedaŭro iom post iom penetris min. La senkulpeco de* Mullá `Alí *mintriĝis al mi, kaj la memoro de mia krueleco kontraŭ li longtempe subpremis mian animon. Ĝia akreco daŭris en mia koro ĝis la tempo, kiam mi sentis min devigita translokiĝi el* Shíráz *al* Baghdád*. El* Baghdád *mi translokiĝis al* Káẓimayn*, kie* `Abdu'l-Vahháb *starigis sian komercon. Stranga mistero montris sin sur lia junula vizaĝo. Ŝajnis, ke li kaŝas de mi sekreton, kiu ŝajne aligis lian vivon. Kaj kkiam, en la jaro 1267 p.H.,*[105] Bahá'u'lláh *vojaĝis al* `Iráq *kaj vizitis* Káẓimayn*on,* `Abdu'l-Vahháb *tuj ensorĉiĝis pro Lia ĉarmo kaj promesis al Li sian senmortan sindonon. Kelkajn jarojn poste, kiam mia filo suferis martigiĝon en* ṭihrán*, kaj* Bahá'u'lláh *estis ekzilita al* Baghdád*, kun senlima favoro kaj kompato Li vekis min el la dormo de senatento kaj mem instruis al mi la revelacion de la Nova Tago, forlavante per la kavo de Dia pardono la makulojn de tiu kruela faro."*

Ĉi tiu epizodo signas la unuan aflikton, kiu okazis al disĉiplo de Báb post la deklaro de Lia misio. Per ĉi tiu travivaĵo Mullá `Alí konstatis, kiel kruta kaj dornplena estas la vojo, kiu kondukas al lia fina atingo de la promeso farita al li de lia Majstro. Tuta submetiĝinta la Lia volo kaj preta verŝi sian vivosangon por Lia Afero, li rekomencis sian vojaĝon ĝis li alvenis al Najaf. Antaŭ Shaykh Muḥammad-ḥasan, unu el la plej famaj ekleziuloj de ŝiana Islámo, kaj malgraŭ la ĉeesto de eminenta anaro de liaj disĉiploj, Mullá `Alí sentime anoncis la malkaŝon de Báb, la Pordo, kies alvenon ili avide atendis. *„Lia pruvo,"* li deklaris, *„estas Lia Vorto; Lia atesto estas nenio krom la atesto, per kio* Islámo *penas defendi sian veron. El la plumo de tiu neinstruita* Háshimida *Junulo de Persujo fluis, en la daŭro de kvardek ok. horoj, tiel granda nobro da versoj, preĝoj, prediketoj, kaj sciencaj traktaĵoj, ke ili egalus amplekse la tutan Koranon, je kiu Mahometo, la Profeto de Dio, okupis sin dum dudek tri jaroj por revelacii!"* Tiu aroganta kaj fanatika ĉefo, anstataŭ bonvenigi tiujn ĉi vivigajn atestaĵojn de novenaskita Revelacio en epoko de mallumo kaj antaŭjuĝo, tuj proklamis lin herezulo kaj elpelis lin el la kunsidantaro. Liaj disĉiploj kaj sekvantoj, eĉ la shaykhanoj, kiuj jam atestis la piecon, sincerecon kaj klerecon de Mullá `Alí, senhezite aprobis la juĝon kontraŭ li. La disĉiploj de Shaykh Muḥammad-ḥasan, subtenante siajn antaŭajn kontraŭulojn, superŝutis lin per neesprimeblaj indignindaĵoj. Ili fine kondukis lin, liaj manoj enkatenigitaj, al oficisto de la turka registraro, akuzante lin kiel detruanton de Islámo, kalumnianton de la Profeto, instiganton de malbono, malhonoron al la Kredo kaj indan je mortpuno. De registaraj oficistoj li estis kondukita al Baghdád kaj malliberigita de la guberniestro de tiu urbo.

ḥájí Háshim, alnomita `Aṭṭár, elstaranta komercisto, kiu estis sperta pri la Sankta Skribo Islám*a*, rakontis la jenon: *„Foje mi ĉeestis la Registaran Domon, kiam oni alvokis* Mullá `Alí*on al la kunsido de la famuloj kaj registaraj oficistoj de tiu urbo. Oni publike akuzis lin kiel senkredulon, nuliganton de la* Islám*aj instruoj kaj malkonfesanton de ĝiaj ritoj kaj akceptataj reguloj. Post kiam oni elnomadis liajn laŭdirajn pekojn kaj malbonfarojn, la* Muftí*, la ĉefa klariganto de la* Islám*aj instruoj en tiu urbo, turnis sin al li kaj diris: »Ho malamiko de Dio!« Mi estis sidanta apud la* Muftí*, kaj mi flustris en lian orelon: »Vi ankoraŭ ne konas tiun ĉi malfeliĉan fremdulon. Kial vi tiamaniere alparolas lin? Ĉu vi ne scias, ke tiaj vortoj, per kiuj vi alparolis lin, ekscitos kontraŭ li la koleron de la loĝantaro? Decas al vi ignori la*

[105] 1850-51 p.Kr.

*senfundajn akuzojn, per kiuj ĉi tiuj enmiksiĝuloj kulpigas lin, mem eldemandi lin kaj juĝi lin laŭ la akceptataj instruoj de justeco admonistruataj de la Kredo de Islámo.« La Muftí forte koleris, levis sin kaj forlasis la kunsidon. Mullá `Alíon oni denove malliberigis. Kelkajn tagojn poste mi demandis pri li, esperante okazigi lian liberigon. Mi informiĝis, ke tiun saman nokton oni punekzilis lin en Konstantinoplon. Mi plue serĉadis kaj penis sciiĝi pri tio, kio fine okazis al li. Tanem, mi ne povis eltrovi la veeron. Kelkaj opiniis, ke survoje al Konstantinoplo li malsaniĝis kaj mortis. Aliaj pretendis, ke li suferis martiriĝon."* [106]Kia aijn estis lia fino, Mullá `Alí, pro sia vivo kaj morto, gajnis la senmortan distingon pro tio, ke li estis la unua suferanto sur la voje de ĉi tiu nova Kredo de Dio; la unua, kiu fordonis sian vivon kiel oferaĵon sur la Altaro de Oferado. Forsendinte Mullá `Alíon al lia misio, Báb alvokis al si la ceterajn Literojn de la Vivanto, kaj al ĉiu aparte Li donis specialan ordonon kaj difinis specialan taskon. Li parolis al ili la jenajn vortojn: *„Ho Miaj amataj amikoj! Vi estas portantoj de la Nomo de Dio en ĉi tiu Tago. Vi estas elektitaj kiel konfidatoj de Lia mistero. Decas al ĉiu el vi elmontradi la atributojn de Dio kaj ekzempligadi per viaj faroj kaj vortoj la signojn de Lia justeco, de Lia povo kaj gloro. Eĉ ĉiu membro de via korpo devas atesti la altecon de via intenco, la purecon de via vivo, la realecon de via kredo kaj la subliman karakteron de via sindono. Ĉar vere mi diras, ĉi tio estas la Tago, pri kiu Dio parolis en sia Libro: »En tiu tago Ni metos sigelon sur iliaj buŝojn; tamen iliaj manoj parolos al Ni kaj iliaj piedoj atestos pri tio, kion ili estos farintaj.« Pripensu la vortojn, kiujn Jesuo diris al siaj disĉiploj, forsendante ilin por disvastigi la Aferon de Dio. En la jenaj vortoj Li ordonis al ili leviĝi kaj plenumi sian mision: »Vi estas kiel fajro, kiu estis lumigita en la mallumo de nokto sur montpinto. Via lumo brilu antaŭ la homoj okuloj. Tia devas esti la pureco de via karaktero kaj la grado de via sinrezigno, ke la homoj de la tero tra vi rekonu kaj estu altirataj al la ĉiela Patro, kiu estas la Fonto de pureco kaj favoro. Ĉar neniu vidis la Patron, kiu estas en la ĉielo. Vi, kiuj estas Liaj spiritaj infanoj, devas per viaj agoj ekzempligadi Liajn virtojn kaj atesti Lian gloron. Vi estas la salo de la tero; sed se la salo sengustiĝis, per kio ĝi estos salita? Tia devas esti la grado de via animpureco, ke en kiun ajn urbon vi eniros por proklami kaj instrui la Aferon de Dio, neniel vi devas atendi ĉu manĝaĵon aŭ rekompencon de ĝia loĝantaro. Kontraŭe, forlasante tiun urbon, vi devas skui for la polvon de viaj piedoj. Kiel vi eniris ĝin puraj kaj senmakulaj, tiel same vi devas foriri el tiu urbo. Ĉar vere Mi diras, ke la ĉiela Patro estas ĉiam kun vi kaj gardas vin. Se vi estos fidelaj al Li, Li certe transdonos en viajn manojn ĉiujn trezorojn de la tero kaj altigos vin super ĉiujn regantojn kaj reĝojn de la mondo.« Ho Miaj Literoj! Vere Mi diras, ke treege altigita estas ĉi tiu Tago super la tagoj de la antikvaj Apostoloj. Ne, nemezurebla estas la diferenco! Vi estas atestantoj de la Matenlumo de la promesita Tago de Dio. Vi estas partoprenantoj de la mistika kaliko de Lia Revelacio. Streĉu vian penadon kaj atente memoru la vortojn de Dio revelaciitajn en Lia Libro:*[107] *»Jen, la Sinjoro via Dio alvenis, kaj kun Li estas la anaro de Liaj anĝeloj vicigitaj antaŭ Li!« Purigu viajn korojn de mondaj deziroj, kaj anĝelaj virtoj estu via ornamo. Penadu ke per viaj agoj vi atestu la verecon de ĉi tiuj vortoj de Dio kaj gardu vin, ke pro »forturniĝo« Li ne »anstataŭigu vin per aliaj homoj,« kiuj »ne estos de via speco,« kaj kiuj prenos de vi la Regnon de Dio. La tagoj, kiam vana adorado estis konsiderata sufiĉa, estas finitaj. Venis la tempo, kiam nenio krom la plej puraj motivoj, akompanataj de agoj de senmakula pureco, povas leviĝi al la trono de la Plaj Alta kaj estu akcepteblaj antaŭ Li. »Bona vorto levas sin al Li, kaj justa faro igos ĝin altigita antaŭ Li.« Vi estas la humiluloj, pri kiuj Dio jene parolis en sia Libro:*[108] *»Kaj Ni deziras montri favoron al tiuj, kiuj estis malaltigitaj en la lando, kaj fari ilin spiritaj gvidantoj de la homoj kaj fari ilin Niaj heredantoj.« Vi estas alvokitaj al ĉi tiu posteno; vi atingos ĝin nur se vi leviĝos por premi sub viaj piedoj ĉian teran deziron kaj penados iĝi tiuj »honorindaj Liaj servantoj, kiuj ne parolas, antaŭ ol Li parolis, kaj kiuj plenumas Liajn ordonojn.« Vi estas la unuaj Literoj, kiuj estis naskigitaj de la unua Punkto,*[109] *la unuaj Fluoj kiuj ŝprucis el la Fonto de ĉi tiu Revelacio. Petegu la Sinjoron vian Dion permesi, ke nenia tera implikaĵo, nenia monda sento, nenia efemera celado makulu la purecon aŭ amarigu la dolĉecon de tiu favoro, kiu fluas tra vi. Mi preparas vin por alveno de potencega Tago. Streĉu ĉiujn viajn penojn, por ke en la venonta monde Mi, kiu nun vin instruas, povu, antaŭ la trono de la Dia kompato, ĝoji pro viaj faroj kaj fieri pro viaj akiraĵoj. La sekreto de la Tago, kiu venos, estas nun kaŝita. Ĝi povas esti nek malkaŝata nek pritaksata. Ĵusnaskito de tiu Tago superados la plej saĝajn kaj plej respektindajn homojn de ĉi tiu tempo, kaj la plej malaltaj kaj malplej instruitaj homoj de tiu periodo superados per sia kompreno la plej klerajn kaj eminentajn religiulojn de ĉi tiu tempo. Disiru tra la tuta larĝeco kaj vasteco de ĉi tiu lando kaj kun firmaj piedoj kaj sanktigitaj koroj preparu la vojon por Lia alveno. Ne atentu viajn mankojn kaj malfortecon; fiksu vian rigardon sur la nevenkeblan potencon de la Sinjoro via Dio, la Ĉiopova. Ĉu Li ne triumfigis en la pasintaj tagoj Abrahamon, malgraŭ Ties ŝajna senhelpeco, super la fortoj de Nimrod? Ĉu Li ne ebligis al moseo, kies bastono estis Lia sola kunulo, venki Faraonon kaj lian armeojn? Ĉu Li ne firmigis la superecon de jesuo, eĉ se Li estis malriĉa kaj malalta antaŭ la homaj okuloj, super la kombinitaj fortoj de la judoj? Ĉu Li ne subigis la barbarajn kaj militemajn gentojn de Arabujo al la sankta kaj transforma disciplino de mahometo, Sia Profeto? Leviĝu en Lia nomo, konfidu vin tute al Li kaj estu certaj pri fina venko."*[110]

---

[106] Laŭ Muḥammad Muṣṭafá (p. 106) Mullá `Alí suferis sesmonatan malliberigon en Baŕďád, laŭ la ordono de paĕaho Najíb, guberniestro de tiu urbo. El tie, laŭ la instrukcioj de la turka registaro, oni ordonis al li iri al Konstantinoplo. Li vojaăis tra Mosulon, kie li havis okazon veki intereson pri la nova Revelacio. Tamen, liaj amikoj ne sukcesis eltrovi, ŏu li fine atingis sian vojaăocelon.

[107] La Korano.

[108] La Korano.

[109] Unu el la titoloj de Báb.

[110] Báb aludas al la Literoj de la Vivanto en la Persa Bayán (Váḥid I, Báb 2) en la jenaj vortoj: „Ŏiuj el ili elmontradas la Nomon de la Vivanto, ŏar ŏi tiuj estas la plej proksimaj nomoj al Dio. Tiuj, kiuj estas aliaj ol ili, estas gvidataj per iliaj ekzempligaj faroj, ŏar per ili Dio komencis la

Per tiaj vortoj Báb vivigis la kredon de siaj disĉiploj kaj elirigis ilin al ilia misio. Al ĉiu Li difinis lian naskiĝan provincon kiel kampon de laborado. Li ordonis al ili, ke ĉiuj detenu sin de specifaj aludoj al Liaj nomo kaj personaĵo.[111] Li istruis al ili laŭtkrii, ke la Pordo al la Promesito malfermiĝis, ke Lia pruvo estas nerefutebla kaj Lia atestado kompleta. Li ordonis al ili deklari, ke kiu ajn kredas je Li kredas je ĉiuj profetoj de Dio, kaj ke kiu ajn neas Lin neas ĉiujn Liajn sanktulojn kaj elektitojn. Post ĉi tiuj instruoj Li eksigis ilin el sia ĉeesto kaj konfidis ilin al la Dia gardo. El ĉi tiuj Literoj de la Vivanto, kiujn Li tiele alparolis, restis kun Li en Shíráz Mullá ḥusayn, la unua el ĉi tiuj Literoj, kaj Quddús, la lasta. La ceteraj dekkvar eliris je tagiĝo el Shíráz, kaj ĉiu decidis plenumi entute la taskon konfiditan al li.

Kiam alproksimiĝis la tempo de la foriro de Mullá ḥusayn, Báb parolis al li la jenajn vortojn: *„Ne malĝoju pro tio, ke Mi ne elektis vin kiel Mian kunulon dum Mia pilgrimado en ḥijázon. Anstataŭe, Mi direktos viajn paŝojn al tiun urbon, kiu kaŝas Misteron de tiel superega sankteco, ke nek ḥijáz nek Shíráz povas egali Ĝin. Mia espero estas, ke la Dia helpo ebligos al vi forigi la vualojn de la okulo9j de la obstinaj kaj purigi la animojn de la malbonvolaj. Vizitu survoje Isfáhánon, Káshánon, ṭihránon kaj Khurásánon. El tie iru al `Iráq, kaj tie atendu la ordonojn de via Sinjoro, kiu gardos vin kaj direktos vin al tio, kio estas Lia volo kaj deziro. Rilate al Mi, Mi pilgrimos al ḥijáz kune kun Quddús kaj mia etiopa servanto. Mi aloĝos al la pilgrimantaro de Fárs, kiu estas ŝipveturonta al tiu lando. Mi vizitos Mekkon kaj medinon kaj plenumos tie la mision, kiun Dio konfidis al Mi. Se plaĉos al Dio, Mi revenos tien ĉi per la vojo tra Kúfih, kie Mi esperos renkonti vin. Se estos dekretite alie, Mi invitos vin kuniĝi kun Mi en Shiráz. Estu certa, ke la anaro de la nevidebla Regno subtenos kaj plifortigos viajn penojn. La esenco de potenco nun estas en vi, kaj la anaro de Liaj elektitaj anĝeloj ĉirkaŭas vin. Liaj fortegaj brakoj ĉirkaŭprenos vin, kaj Lia eterna Spirito gvidados viajn paŝojn. Tiu, kiu amos vin, amos Dion; kaj kiu ajn kontraŭstaros vin, kontraŭstaros Dion. Kiu ajn amike helpos vin, tiun dio helpos; kaj kiu ajn malakceptos vin, tiun Dio malakceptos."*

## *Ĉapitro IV*
## *La Vojaĝo de Mullá ḥusayn al ṭihrán*

Kun la sono de ĉi tiuj noblaj vortoj en la oreloj, Mullá ḥusayn eliris por plenumi sian danĝeran entreprenon. Kien ajn li iris, al kia ajn klaso de homoj li parolis, li transdonis sentime kaj kuraĝe la Revelacion, kiun lia amata Majstro konfidis al li. Alveninte en Iṣfáhánon, li ekloĝis en la madrisih de Ním-Ávard. Ĉirkaŭ li kunvenadis tiuj, kiuj, okaze de lia antaŭa vizito en tiu urbo, konis lin kiel la favoritan senditon de Siyyid Káẓim al la eminenta mujtahid, ḥájí Siyyid Muḥammad-Báqir.[112] Pro ties morto postvenis lin lia filo, kiu ĵus revenis el Najaf kaj nun okupis la postenon de sia patro. ḥájí Muḥammad-Ibráhím-i-Kalbásí ankaŭ treege malsaniĝis kaj estis baldaŭ mortonta. La disĉiploj de la mortinta ḥájí Siyyid Muḥammad-Báqir, liberigitaj de la detenema influo de sia mortinta instruisto, kaj maltrankviligitaj pro la strangaj doktrinoj, kiujn Mullá ḥusayn prezentis, furioze denuncis lin antaŭ ḥájí Siyyid Asadu'lláh, filo de la mortinta ḥájí Siyyid Muḥammad-Báqir. *„Mullá ḥusayn,"* ili plendis, *„dum sia antaŭa vizito povis gajni por la afero de Shaykh Aḥmad la subtenon de via famega patro. Neniu inter la senpovaj disĉiploj de la Siyyid kuraĝis kontraŭstari lin. Nun li venas kiel subtenanto de ankoraŭ pli timiga, kontraŭulo kaj pledas por Lia Afero kun ankoraŭ pli grandaj fervoro kaj forto. Li persiste pretendas, ke Tiu, pro kies Afero li nun probatalas, estas Malkaŝanto de Libro direvelaciita, kiu surprize similas la stilon kaj lingvaĵon de la Korano. Malgraŭ la kontraŭstaro de la loĝantoj de ĉi tiu urbo, li laŭtkrias la jenajn disputajn vortojn: »Prezentu similulon, se vi estas homoj de vero.« Rapide alproksimiĝas la tago, kiam la tuta urbo Iṣfáhán estos akceptinta lian Aferon!"* ḥájí Siyyid Asadu'lláh eviteme respondis iliajn plendojn. *„Kion mi diru?"* li fine devis respondi. *„Ĉu vi ne konfesas mem, ke Mullá ḥusayn, per sia elokventeco kaj la konvinkforto de sia argumentado, silentigis eĉ mian famegan patron? Kiel mi, do, kiu tiel malsuperas tiun je indeco kaj scio, arogu al mi disputi tion, kion li jam aprobis? Ĉiu senpartie esploru tiujn ĉi pretendojn. Se oni kontentiĝos, bonege; se ne, oni silentu kaj ne risku malestimigi la bonan nomon de nia Kredo."*
Eklerninte, ke iliaj penoj malsukcesis influi ḥájí Siyyid Asadu'lláhon, liaj disĉiploj turnis sin al ḥájí Muḥammad-Ibráhím-i-Kalbásí. *„Ve al ni,"* ili laŭte protestis, *„ĉar la malamiko leviĝis por disrompi la sanktan Kredon de Islámo!"* En maltrankviligaj kaj troigitaj vortoj ili emfazis la disputeman karakteron de la ideoj prezentataj de Mullá ḥusayn. *„Silentu,"* respondis ḥájí Muḥammad-Ibráhím. *„Mullá ḥusayn ne estas trompebla, kaj li ne povas erari pri danĝeraj herezoj . Se via disputado estas vera, se Mullá ḥusayn ja alprenis novan Kredon, estas sendube via unua devo ekzameni*

---

revelacion de la Bayán, kaj al ili Li redonos tiun ői revelacion de la Bayán. Ili estas la lumoj, kiuj en la pasinteco adorkliniăadis kaj daŭros adorkliniăi en la estonto antaŭ la őiela trono." („La Persa Bayán," vol I, pp 24-5)

[111] A.L.M. Nicolas, en sia antaŭparolo al volumo I de „La Persa Bayán," (pp. 3-5), skribas jene: „La tuta mondo volonte konfesas, ke estus tute neeble al Li laŭte proklami sian doktrinon kaj disvastigi ăin inter la homoj. Li devis agi kiel porinfana kuracisto, kiu sukerumas amaran medikamenton por agrable forigi iliajn junecajn malsanojn. Kaj la homoj, inter kiuj Li ekaperis, estis, kaj ankoraŭ estas, ho ve! Pli fanatikaj, ol la judoj en la tempo de Jesuo, kiam la majesteco de la Roma paco ne ekzistis plu por haltigi la fortegan malmoderecon de religia malsaăeco de troekscitita popolo. Do, se Kristo, malgraŭ la relativa trankvileco de la őirkaŭaŕo, en kiu Li predikis, sentis sin devigata ankaŭ uzu alegoriojn, Siyyid `Alí-Muḥammad, a fortiori, devis kaĕi sian penson per multaj malrektaj rimedoj kaj verĕi nur guton post guto la kuracan trinkaŕon de siaj diaj veroj. Li edukas sian infanon, la Homaron; Li gridadas ăin, penante ne timigi ăin; Li direktas ăiajn unuajn paĕojn sur vojo, kiu kondukas malrapide sed certe, por ke, tuj kiam ăi povos iri sola, ăi atingos la celon difinitan por ăi de eterne."

[112] „Oni amase rapidis por aŭskulti la predikanton. Li okupis laŭvice őiujn katedrojn en Iṣfáhán, kie li libere faris tion, kio estis malpermesite al li fari en Šľíráz. Li ne timis publikigi kaj anonci, ke Mírzá `Alí-Muḥammad estas la dekdua Imám, la Imám Mihdí; li montris kaj legis librojn verkitajn de sia Majstro; li atentigis iliajn bonegan stilon kaj profundecon, rimarkigis la egan junecon de la Vidanto, rakontis miraklojn pri Li." („Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," p. 130, de la Comte de Gobineau.)

*senapartie la karakteron de liaj instruoj kaj deteni vin de denuncado de li sen antaŭa kaj atenta elesploro. Se mi resaniĝos kaj refortiĝos, estas mia intenco, se plaĉos al Dio, mem esplori la aferon kaj eltrovi la veron."*

Ĉi tiu severa riproĉo eldirita de ḥájí Kalbásí multe maltrankviligis la disĉiplojn de ḥájí Siyyid Asadu'lláh. Konsternite, ili apelis al Manúchihr Khán, la Mu`tamidu'd-Dawlih, la guberniestro de la urbo. Tiu saĝa kaj prudenta reganto rifuzis intermeti sin en ĉi tiuj aferoj, kiuj, li diris, estas ekskluzive en la aŭtoritatsfero de la ulemoj. Li avertis ilin, ke ili detenu sin de malbonfaro kaj ĉesu interrompi la pacon kaj trankvilecon de la sendito. Liaj severaj vortoj frakasis la esperojn ke la malbonfaruloj. Per tio Mullá ḥusayn estis liberigita de la konspiroj de liaj malamikoj, kaj dum kelkatempo li daŭrigis siajn taskojn nemalhelpate.

La unua, kiu en tiu urbo akceptis la Aferon de Báb, estis viro, kribristo de tritiko kiu tuj kiam la Alvoko atingis liajn orelojn malkaŝe akceptis la Revelacion. Kun mirinda sindono li servis Mullá ḥusaynon, kaj pere de intima kunesto kun li, li fariĝis fervorega subtenanto de la nova Revelacio. Kelkajn jarojn poste, kiam oni rakontis al li la animvivigajn detalojn pri la sieĝo de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí, li sentis nekontraŭstareblan impulson kuniĝi kun tiuj heroaj kunuloj de Báb, kiuj estis leviĝintaj por defendi sian Kredon. Portante en la mano sian kribrilon, li tuj leviĝis kaj ekiris por atingi la lokon de tiu memorinda atako. *„Pro kio vi foriras tiel rapide?"* liaj amikoj demandis lin, kiam ili vidis lin kurantan en ega ekscito tra la bazaroj de Iṣfáhán. *„Mi leviĝis,"* li respondis, *„por aliĝi al la glora aro de la defendantoj de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí! Per ĉi tiu kribrilo, kiun mi portas kun mi, mi intencas kribri la homojn en ĉiu urbo, kiun mi travojaĝos. Kiun ajn mi trovos preta alpreni la Aferon, kiun mi akceptis, tiun mi invitos kuniĝi kun mi kaj rapidi tuj sur la martiriĝan kampon."* Tia estis la sindono de tiu junulo, ke Báb, en la persa Bayán, aludas al li en la jenaj vortoj: *„Iṣfáhán, tiu elstaranta urbo, distingiĝas pro la religia fervoro de ĝiaj ŝianaj loĝantoj, la klereco de ĝiaj teologiistoj, kaj pro la ega espero de altaj kaj malaltaj egale, pri la baldaŭa alveno de la ṣáḥibu'z-Zamán. En ĉiu kvartalo de tiu urbo estas starigitaj religiaj institucioj. Kaj tamen, kiam ekaperis la Malkaŝanto de Dio, tiuj, kiuj pretendis esti la konfidatoj de saĝeco kaj la klarigantoj de la misteroj de la Kredo de Dio, malakceptis Lian Revelacion. El ĉiuj loĝantoj de tiu klerejo, troviĝis nur unu persono, kribristo de tritiko, kiu ekkonis la Veron kaj estis investita per la robo de Dia virteco:"*[113]

Inter la siyyidoj de Iṣfáhán, kelkaj, kiel Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí, kies filino poste edziniĝis kun la Plej Granda Branĉo,[114] Mírzá Hádí, frato de Mírzá Muḥammad-`Alí, kaj Mírzá Muḥammad-Riḍáy-i-Pá-Qal`iyí, ekkonis la veron de la Afero. Mullá ṣádiq-i-Khurásání, antaŭe konata kiel Muqaddas, kaj de Bahá'u'lláh alnomita Ismu'lláhu'l-Aṣdaq, kiu, laŭ la instruoj de Siyyid Káẓim, estis loĝanta en Iṣfáhán dum la antaŭaj kvin jaroj, kaj kiu estis pretiganta la vojon por la alveno de la nova Revelacio, estis ankaŭ inter la unuaj kredantoj, kiuj dediĉis sin al la Revelacio proklamita de Báb.[115]

Tuj kiam li sciiĝis pri la alveno de Mullá ḥusayn en Iṣfáhánon, li rapidis renkonti lin. Li rakontas jene pri sia unua intervjuo, kiu okazis nokte, en la hejmo de Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí: *„Mi petis Mullá ḥusaynon, ke li malkaŝu la nomon de Tiu, kiu pretendas esti la promesita Malkaŝanto. Li respondis: »Estas malpermesite kaj demandi pri tiu nomo kaj malkaŝi ĝin.« »Ĉu estus do eble,« mi demandis, »ke mi, ĝuste kiel faris la Literoj de la Vivanto, serĉu sendepende la favoron de la Ĉiokompatema, kaj pere de preĝo eltrovu Lian identecon?« »La pordo de Lia favoro,« li respondis, »neniam estas fermita antaŭ tiu, kiu penas trovi Lin,« Mi tuj foriĝis el lia ĉeesto kaj petis lian gastiganton, ke li permesu al mi privatecon de ĉambro en sia domo, kie, sola kaj nemaltrankviligita, mi povu interparoli kun Dio. Dum mia pripensado mi subite memoris vizaĝon de Junulo, kiun mi ofte rimarkis en Karbilá, staranta preĝeme kun pro larmoj malseka vizaĝo ĉe la enirejo de la sanktejo de la Imám ḥusayn. Tiu sama vizaĝo nun reaperis antaŭ miaj okuloj. En mia vizio mi ŝajnis rigardi tiun saman vizaĝon, tiujn samajn trajtojn, kiuj elmontris tian egan ĝojon, ke mi neniam povos priskribi ĝin. Li ridetis dum Li rigardadis min. Mi alproksimiĝis al Li, preta sterniĝi ĉe Liaj piedoj. Mi estis kliniĝanta teren, kiam jen! tiu radianta aperaĵo malaperis de antaŭ mi. Subigita de ĝojo kaj feliĉo, mi elkuris por renkonti Mullá ḥusaynon, kiu rave akceptis min kaj certigis, ke fine mi atingis la celon de mia deziro. »Ne malkaŝu vian vizion al iu,« li petis min; »la tempo por tio ankoraŭ ne alvenis. Vi rikoltis la frukton de via pacienca atendado en Iṣfáhán. Nun vi devas iri al Kirmán kaj tie sciigi tiun ĉi Revelacion al ḥájí Mírzá Karím Khán. El tiu loko vi devas vojaĝi al Shíráz kaj peni veki el ilia senatento la loĝantojn de tiu urbo. Mi esperos kuniĝi kun vi en Shíráz kaj partopreni kun vi la benojn de ĝoja rekunveno kun nia Amato.«"*[116]

El Iṣfáhán Mullá ḥusayn iris al Káshán. La unua, kiu en tiu urbo enskribiĝis inter la anaron de la kredantoj, estis certa ḥájí Mírzá Jání, alnomita Par-Pá, kiu estis famkonata komercisto.[117] Inter la amikoj de Mullá ḥusayn estis bonkonata

[113] „Vidu la landon ṣád (Iṣfáhán), kiu en ői tiu mondo ěajnas esti la plej grava el la landoj. En őiuj ăiaj lernejoj troviăas sklavoj konataj kiel kleruloj kaj batalantoj. Ăuste kiam okazas la elekto de kredantoj, kribristo de tritiko vestas sin per ői tiu robo de őefeco (super la aliaj). En tia okazo malkaěiăas la sekreto pri la promeso de la Imámoj rilate al la Malkaěanto: »La plej malaltaj homoj fariăos la plej altaj, kaj la plej altaj fariăos la plej malnoblaj.«" („La Persa Bayán," vol. 4, p. 113.)

[114] Aludo al la edziăo de `Abdu'l-Bahá kun Munírih Ňľánum.

[115] Gobineau (p. 129) mencias Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Harátíon, bonkonata juristo, kiel unu el la plej fruaj konvertitoj al la Kredo.

[116] „La restado de Bušľrú'í en Iṣfáhán estis triumfo por Báb. La konvertiăoj, kiujn li efikis, estis multaj kaj distingindaj, sed ili altiris al li - ăuste pro tio - la kruelegan malamon de la oficiala ekleziularo, - al kiu li devis malarogante obei, kaj li forlasis la urbon. Efektive, la konvertiăo de Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Harátí, unuaklasa juristo, plenigis ilian koleregon, des pli őar ői tiu fervore supreniris őiutage la mambaron, el kie li malkaěe parolis al la homoj pri la nobleco de Báb, al kiu li atribuis la rangon Ná'ib-i-ňľáṣṣ de la 12a Imám." („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb," p. 255, de A. L. M. Nicolas.)

[117] Laů la „Kašľfu'l-Řľiṭá'" (pp. 42-5), ḥájí Mírzá Jání estis konata inter la loăantoj de Kášľán kiel ḥájí Mírzá Jániy-i-Buzurg, por diferencigi lin de lia samnomulo, kiu ankaů estis komercisto en Kášľán, konata kiel ḥájí Mírzá Jáníy-i-Turk, aů Kúčľiq. La antaůa havis tri fratojn; la plej maljuna nomiăis ḥájí Muḥammad Ismá`il-i-Ďľabíḥ, la dua ḥájí Mírzá Aḥmad, la tria ḥájí `Alí-Akbar.

ekleziulo, Siyyid `Abdu'l-Báqí, loĝanto de Káshán kaj ano de la shaykha komunumo. Kvankam li intime kunestis kun Mullá ḥusayn dum ĉi ties restado en Najaf kaj Karbilá, la Siyyid sentis, ke li ne povas oferi rangon kaj ĉefecon pro la Revelacio, kiun lia amiko alportis al li.
Alveninte en Qumon, Mullá ḥusayn trovis ĝiajn loĝantojn tute senpretaj atenti lian alvokon. La semojn, kiujn li semis inter ili, ne ĝermis ĝis la tempo, kiam Bahá'u'lláh estis ekzilita en Baghdádon. En tiuj tagoj ḥájí Mírzá Músá, naskiĝinta en Qum, akceptis la Kredon, vojaĝis al Baghdád kaj tie renkontis Bahá'u'lláhon. Li fine eltrinkis la kalikon de martiriĝo sur Lia vojo.
El Qum, Mullá ḥusayn iris rekte al ṭihrán. Dum sia restado en la ĉefurbo li loĝis en unu el la ĉambroj, kiuj apartenis al la madrisih de Mírzá ṣáliḥ, pli bone konata kiel la madrisih de Páy-i-Minár. Mullá ḥusayn parolis al ḥájí Mírzá Muḥammad-i-Khurásání, ĉefo de la shaykha komunumo de ṭihrán, kiu deĵoris kiel instruisto en tiu institucio, sed ĉi tiu ne respondis al lia invito akcepti la Revelacion. *„Ni esperis," li diris al Mullá ḥusayn, „ke post la morto de Siyyid Káẓim vi penus antaŭenigi la plej bonajn prosperojn de la shaykha komunumo kaj liberigus ĝin el la mallumo, en kiu ĝi malaltiĝis. Tamen, ŝajnas, ke vi perfidis ĝian aferon. Vi frakasis niajn plej sopiremajn esperojn. Se vi persistos dissemi tiujn ĉi ruinigemajn doktrinojn, vi fine estingos la restaĵojn de la shaykhoj en ĉi tiu urbo."* Mullá ḥusayn certigis lin, ke li ne intencas plilongigi sian restadon en ṭihrán, ke li tute ne celas malaltigi aŭsubpremi la instruojn admoninstruitajn de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim.[118]

Dum sia restado en ṭihrán Mullá ḥusayn kutimis ĉiutage forlasi sian ĉambron frumatene kaj reveni nur horon post sunsubiro. Revenante, silente kaj sola li reeniris sian ĉambron, fermis post si la pordon kaj restis en la privateco de sia ĉambreto ĝis la proksima tago.[119] Mírzá Músá, Áqáy-i-Kalím, frato de Bahá'u'lláh, rakontis al mi la jenon: *„Mi aŭdis la jenan rakonton de Mullá Muḥammad-i-Mu`allim, naskiĝinta en Núr, en la, provinco Mázindarán, kiu estis fervora admiranto de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim: »En tiuj tagoj mi estis konata kiel unu el la favoritaj disĉiploj de ḥájí Mírzá Muḥammad, kaj mi loĝis en la sama lernejo, kie li instruadis. Mia ĉambro apudestis la lian, kaj ni intime kunestis unu kun la alia. En la tago, kiam li estis diskutanta kun Mullá ḥusayn, mi subaŭdis ilian tutan konversacion, kaj profunde kortuŝis min la fervoreco, la fluparoleco kaj klereco de tiu junula fremdulo. Mi miris pri la evitemaj respondoj, la aroganteco kaj malestima konduto de ḥájí Mírzá Muḥammad. Tiun tagon mi sentis min forte allogata al tiu junulo, kaj mi profunde kontraŭsentis la maldecan konduton de mia instruisto al li. Tamen, mi kaŝis miajn sentojn, kaj pretekstis ignori liajn diskutojn kun Mullá ḥusayn. Mi sentis fortan deziron renkonti tiun ĉi, kaj noktomeze mi kuraĝis viziti lin. Li ne atendis min, sed mi frapis lian pordon kaj trovis lin maldorma, sidanta apud sia lampo. Li akceptis min korinkline kaj parolis al mi kun ega ĝentileco kaj amemo. Mi senŝarĝigis mian koron al li, kaj dum mi alparolis lin, nesubpremeblaj larmoj fluis el miaj okuloj. „Nun mi povas kompreni," li diris, „pro kio mi elektis loĝi en ĉi tiu loko. Via instruisto malestime malakceptis tiun ĉi Revelacion, kaj li malestimas ĝian Aŭtoron. Mia espero estas, ke, male al sia instruisto, lia lernanto ekkonu ĝian veron. Kia estas via nomo, kaj en kiu urbo estas via hejmo?" „Mia nomo," mi respondis, „estas Mullá Muḥammad, kaj mia alnomo estas Mu`allim. Mia hejmo estas Núr, en la provinco Mázindarán." „Diru al mi," plue demandis Mullá ḥusayn, „ĉu estas hodiaŭ en la familio de la mortinta Mírzá Buzurg-i-Núrí, kiu estis tiel glora pro sia karaktero, sia ĉarmo, kaj siaj artecaj kaj spiritaj akiraĵoj, iu, kiu pruviĝis kapabla daŭrigi la altajn tradiciojn de tiu famega familio?" „Jes," mi respondis, „inter liaj ekzistantaj filoj, unu distingiĝis pro la samaj ecoj, kiuj karakterizis Lian patron. Per sia virta vivmaniero, siaj altaj akiraĵoj, sia bonkoreco kaj larĝanimeco, Li pruviĝis nobla ido de nobla patro." „Kio estas Lia okupado?" li demandis min. „Li kuraĝigas la senkonsolajn kaj nutras la malsatajn," mi respondis. „Kian rangon kaj oficon Li havas?" „Nenian," mi respondis, „krom amike helpi la malriĉulojn kaj la fremdulojn." „Kio estas Lia nomo?" „ḥusayn-`Alí." „En kiu el la skribaĵoj de sia patro Li superas?" „Lia favorita skribaĵo estas shikastih-nasta`líq." „Kiel Li pasigadas sian tempon?" „Li ĉirkaŭvagas la arbarojn kaj plezurege rigardas la belaĵojn de la kamparo."*[120]
*„Kia estas Lia aĝo?" „Ok kaj dudek." La avideco, kun kiu Mullá ḥusayn demandis min, kaj la sento de ĝojego, kun kiu li akceptis ĉiun detalon, kiun mi rakontis, multe mirigis min. Turnante sin al mi, kun vizaĝo radianta, pro kontentigo kaj ĝojo, li denove demandis: „Mi supozas, ke vi ofte renkontis Lin?" „Mi ofte vizitas Lian hejmon," mi respondis. Li diris, „Ĉu vi transdonos en Liajn manojn konfidaĵon de mi?" „Tute certe," estis mia respondo. Tiam li donis al mi rulaĵon envolvitan en peco da ŝtofo kaj petis, ke mi transdonu ĝin al Li je tagiĝo de la sekvonta tago. „Okaze se Li bonvolus respondi al mi," li aldiris, „ĉu vi bonvolos sciigi al mi Lian respondon?" Mi akceptis la rulaĵon de li, kaj tagiĝe mi leviĝis por plenumi lian deziron.*

---

[118] „Li pasigis kelkajn, tagojn en ői tiu őefurbo, sed tie li ne montris sin publike kaj kontentiăis konversacii private kun tiuj, kiuj venis viziti lin. Li tamen ne preterlasis tiamaniere akcepti multajn personojn kaj altiri al siaj opinioj sufiőe grandan aron de scivolemuloj. Őiu volis vidi lin aů esti vidinta lin, kaj la reăo Muḥammad Šľáh kaj lia ministro, ḥájí Mírzá Áqásí, tiel bonaj persoj kiel ili estis, ne preterlasis venigi lin. Li prezentis al ili siajn doktrinojn kaj transdonis al ili librojn de la Majstro." („Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," p. 131, de la Comte de Gobineau.)

[119] Laů Samandar (manuskripto, p. 2) Mullá ḥusayn, survoje el Šľíráz al ṭihrán en la aro 1260 p. H., estis portanto de Tabuleto revelaciita de Báb al ěaho Muḥammad.

[120] „Unufoje," skribas d-ro J. E. Esslemont, „`Abdu'l-Bahá, la plej aăa filo de Bahá'u'lláh, rakontis al la aůtoro la sekvantajn detalojn pri la frua juneco de sia patro: »De la juneco Li estis rimarkinde afabla kaj grandanima. Li treege amis la eksterdoman vivon kaj pasigadis plej multe da tempo en ăardeno aů en kampoj. Li havis eksterordinaran altirpovon, kiun őiuj sentis. Homoj őiam amasiăadis őirkaů Li. Li estis őirkaůata de ministroj kaj korteganoj, kaj ankaů infanoj havis grandan simpation al Li. Kiam Li havis la aăon de apenaů dektri aů dekkvar jarojn, Li iăis konata pro sia instruiteco. . . . Kiam Bahá'u'lláh havis la aăon de dudek du jaroj, Lia patro mortis, kaj la Registaro deziris, ke Li okupu la postenon de la patro, kiel estis kutime en Persujo, sed Bahá'u'lláh ne akceptis la proponon. Tiam la Őefministro diris: „Lasu lin trankvila. Tia posteno ne estas inda je li. Li celas ion pli altan. Mi ne povas ekkompreni lin, sed mi estas konvinkita, ke li estas destinita por ia alta sorto. Liaj pensoj ne similas la niajn. Lasu lin sola."«" („Bahá'u'lláh kaj la Nova Epoko," pp. 29-30.)

*Alproksimiĝante al la domo de Bahá'u'lláh, mi rekonis Lian fraton, Mírzá Músá, kiu estis staranta ĉe la pordo, kaj al kiu mi komunikis la celon de mia vizito. Li iris en la domon kaj baldaŭ revenis kun bonvenigaj vortoj. Mi estis enkondukita en Lian ĉeeston, kaj mi donis la rulaĵon al Mírzá Músá, kiu transdonis ĝin al Bahá'u'lláh. Li petis, ke ni ambaŭ sidiĝu. Malfaldinte la rulaĵon, Li ekrigardis ĝian enhavon kaj komencis laŭtlegi certajn eltiraĵojn el ĝi. Mi sidis ravita dum mi aŭskultis la sonon de Lia voĉo kaj la dolĉecon de ĝia melodio. Li estis leginta paĝon el la rulaĵo, kiam Li turnis sin al sia frato kaj diris: „Músá, kion vi havas por diri? Vere Mi diras, kiu ajn kredas je la Korano kaj ekkonas ĝian Dian devenon, kaj tamen hezitos konfesi, eĉ momente, ke ĉi tiuj animvivigaj vortoj estas dotitaj de la sama regenerada forto, tiu tute certe eraros en sia juĝo kaj erarvagos malproksimen de la vojo de justeco." Li ne parolis pli. Eksigante min, Li komisiis al mi, ke mi portu al Mullá Ḥusayn rusan sukerkonuson kaj pakaĵon da teo[121] kiel donacon de Li, kaj ke mi transdonu al li la esprimon de Lia estimo kaj amo.*

*Mi leviĝis kaj ĝojege rerapidis al Mullá Ḥusayn kaj transdonis al li la donacon kaj komunikon de Bahá'u'lláh. Kun kia ega ĝojo li akceptis ilin de mi! Vortoj ne kapablas priskribi lian egan emocion. Li eksaltis, kapoklinite akceptis de mia mano la donacon kaj fervore kisis ĝin. Tiam li ĉirkaŭprenis min, kisis miajn okulojn kaj diris: „Mia tre amata amiko! Mi preĝas, ke ĝuste kiel vi ĝojigis mian koron, tiel Dio donacu al vi eternan feliĉon kaj plenigu vian koron per senmorta ĝojo." Mi miregis pri la konduto de Mullá Ḥusayn. Kio povus esti, mi pensis al mi, la karaktero de la ligilo, kiu kunigas tiujn ĉi du animojn? Kio povis ekbruligi tiel fervoran kunsenton en iliaj koroj? Kial Mullá Ḥusayn, por kiu pompo kaj parado de reĝeco estis la plej malgravaj bagateloj, elmontris tian ĝojon pri tiel malgranda donaco el la manoj de Bahá'u'lláh? Mi cerbumis pri tiu penso kaj ne povis solvi ĝian misteron.*

*Kelkajn tagojn poste, Mullá Ḥusayn foriris al Khurásán. Adiaŭante min, li diris: „Rakontu al neniu tion, kion vi aŭdis kaj vidis. Tio estu sekreto kaŝita en via brusto. Ne malsekretigu Lian nomon, ĉar tiuj, kiuj envias Lin, leviĝos por malutili Lin. En viaj meditemaj monientoj, preĝu, ke la Ĉiopova protektu Lin, ke pere de Dio Li altigu la malaltigitajn, riĉigu la malriĉulojn kaj elaĉetu la pekemulojn. La sekreto de ĉio estas kaŝita antaŭ niaj okuloj. Estas nia devo laŭtkrii la alvokon de la Nova Tago kaj proklami tiun ĉi Dian Revelacion al ĉiuj homoj. Multaj homoj en ĉi tiu urbo verŝos sian sangon sur ĉi tiu vojo. Tiu sango akvumos la Arbon de Dio, igos ĝin flori kaj ombri la tutan homaron."«"*

## Ĉapitro V
## La Vojaĝo de Bahá'u'lláh al Mázindarán

La unua vojaĝo, kiun Bahá'u'lláh entreprenis por antaŭenigi la Revelacion anoncitan de Báb, estis al sia prapatra hejmo en Núr, en la provinco Mázindarán. Li ekvojaĝis al la vilaĝo Tákur, la propra bieno de sia patro, kie Li posiedis grandegan domon reĝe meblitan kaj belege lokitan. Foje estis mia privilegio aŭdi Bahá'u'lláhon mem rakonti la jenon:
*„La mortinta Veziro, mia patro, okupis enviindan oficon inter siaj samlandanoj. Lia ega riĉeco, lie nobla prapatraro, liaj artecaj akiraĵoj, liaj senegala prestiĝo kaj alta rango gajnis por li la admiron de ĉiuj, kiuj konis lin. Dum pli ol dudek jaroj neniu inter la vasta rondo de liaj familio kaj parencaro, kiu etendiĝis tra Núr kaj Ṭihrán, suferis malriĉecon, malutilon aŭ malsanon. Dum longa kaj daŭra periodo ili ĝuis abundajn kaj diversajn benojn. Tamen, tre subite ĉi tiuj prospero kaj gloro cedis sin al serio de malfeliĉegoj, kiuj severe skuis la fundamentojn de lia materia prospero. La unua perdo, kiun li suferis, estis kaŭzita de granda diluvo, kiu, devenante de la montoj de Mázindarán, fortege superfluis la vilaĝon Tákur kaj tute detruis duonon de la domego de la Veziro lokitan super la fortikaĵo de tiu vilaĝo. La plej bona parto de tiu domo, kiu estis konata pro la fortikeco de ĝiaj fundamentoj, estis tute forigita de la furiozo de la muĝanta torento. Ĝiaj multekostaj mebloj detruiĝis, kaj ĝiaj belegaj ornamoj neripareble ruiniĝis. Tio estis baldaŭ sekvata de la perdo de diversaj ŝtataj postenoj, kiujn la Veziro okupis, kaj de senĉesaj atakoj de liaj enviemaj malamikoj. Malgraŭ ĉi tiu subita sortoŝanĝo, la Veziro konservis siajn dignon kaj trankvilecon kaj daŭrigis siajn bonfarojn laŭ la limigiteco de siaj rimedoj. Li daŭrigis elmontri al siaj malfidelaj kunuloj tiujn samajn ĝentilecon kaj favoron, kiuj karakterizis liajn interrilatojn kun liaj kunuloj. Kun fortega superkapablo li luktis ĝis la lasta horo de sia vivo kun la mizeroj, kiuj tiel preme superpezis lin."*

Antaŭ la deklaro de Báb, Bahá'u'lláh jam vizitis la regionon Núr en la tempo, kiam la fama mujtahid Mírzá Muḥammad-Taqíy-i-Núrí ĝuegis siajn aŭtoritaton kaj influon. Tia estis la emintenteco de lia rango, ke ĉiuj tiuj, kiuj sidis ĉe liaj piedoj, konsideris sin kiel la rajtigitajn klarigantojn de la Kredo kaj Leĝo de Islámo. La mujtahid estis alparolanta aron da pli ol ducent tiaj disĉiploj, kaj li estis longe priparolanta pri malklara eltiraĵo el la atribuitaj eldiroj de la imámoj, kiam Bahá'u'lláh, sekvata de aro de siaj kunuloj, preterpasis tium lokon kaj paŭzis tempospacon por aŭskulti al lia prediko. La mujtahid petis siajn disĉiplojn, ke ili klarigu malfacile kompreneblan teorion rilate al la metafizikaj vidpunktoj de la islámaj instruoj. Kiam ili ĉiuj konfesis sian nekapablon klarigi tion, Bahá'u'lláh sentis sin instigita prezenti, mallonge sed konvinke, klaran komentarion pri tiu teorio. La mujtahid multe ĉargrenis pri la nekapablo de siaj disĉiploj. *„Jam de jaroj mi instruas vin,"* li kolere ekkriis, *„kaj mi pacience penis enradiki en viajn mensojn la plej profundajn verojn kaj la plej noblajn principojn de la kredo. Kaj tamen, post ĉiuj ĉi jaroj de studado, vi permesas al tiu junulo, portanto de kuláh[122] kiu ne partoprenis skolastikan edukadon kaj nenion scias pri via akademia instuiteco, ke li elmontru sian superecon super vi!"*

---

[121] Teo kaj tiu speco de sukero, en tiu tempo estante treege maloftaj en Persujo, estis ambaů uzataj kiel donacoj inter la pli altaj klasoj de la loăantaro.

[122] La kuláh, ěafidfela őapelo, diferencigis la ekleziularon de la laikaro, kaj ăi estis őiam portata de ětataj oficistoj.

Pli poste, kiam Bahá'u'lláh estis foririnta, la mujtahid rakontis al siaj disĉiploj du el siaj antaŭnelongaj sonĝoj, kies detaloj, laŭ sia opinio, estis plej gravaj. *„En mia unua sonĝo,"* li diris, *„mi estis staranta en la mezo de granda aro da homoj, ĉiuj kiuj ŝajnis montri al certa domo, en kiu, ili diris, loĝas la Ṣáḥibu'z-Zamán. Ĝojege mi rapidis en mia sonĝo por atingi Lian ĉeeston. Kiam mi atingis la domon, je mia granda surprizo oni malpermesis min eniri. »La promesita Qá'im,« oni informis min, »nun private interparolas kun alia Persono. Aliri al ili estas severe malpermesita.« De la gardistoj, kiuj estis starantaj apud la pordo, mi konkludis, ke tiu Persono estas neniu alia, ol Bahá'u'lláh.*

*En mia dua sonĝo,"* la mujtahid daŭrigis, *„mi trovis min en loko, kie mi vidis ĉirkaŭ mi aron de kofroj, ĉiuj kiuj, oni diris, apartenas al Bahá'u'lláh. Malferminte ilin, mi trovis, ke ili estas plenaj je libroj. Ĉiu vorto kaj litero enskribita en ĉi tiuj libroj estis muntita per la plej belegaj juveloj. Ilia brileco konfuzis min. Mi estis tiel subigita de tiu brileco, ke mi ekvekiĝis el mia sonĝo."*

Kiam, en la jaro '60, Bahá'u'lláh alvenis en Núron, Li sciiĝis, ke mortis tiu fama mujtahid, kiu ĉe Lia antaŭa vizito uzis tian grandegan potencon. La grandega aro de liaj sekvantoj malpliiĝis en nuran plenmanon da malkuraĝigitaj disĉiploj, kiuj, sub ĉefeco de lia posteulo, Mullá Muḥammad, estis penantaj subteni la tradiciojn de sia mortinta ĉefo. La entuziasmo, kiu salutis la alvenon de Bahá'u'lláh, ege malsimilis la malĝojon, kiu kaptis la restaĵon de tiu antaŭe prosperanta komunumo. Granda aro de la oficistoj kaj konatuloj en tiu ĉirkaŭaĵo vizitis Lin, kaj kun ĉiu signo de korinklino kaj respekto ili montris al Li konvenan bonvenon. Pro la socia pozicio, kiun Li okupis, ili deziregis informiĝi de Li pri ĉiuj novaĵoj rilate al la vivmaniero de la ŝaho, la agado de liaj ministroj kaj la aferoj de lia registaro. Al iliaj demandoj Bahá'u'lláh respondis kun ega indiferenteco kaj ŝajnis elmontri tre malmultan intereson aŭ atenton. Kun konvinka alokventeco Li pledis por la afero de la nova Revelacio kaj atentigis ilin pri la supermezuraj profitoj, kiujn ĝi destiniĝis doni al ilia lando.[123] Tijj, kiuj aŭdis Lin, miris pri la ega intereso, kiun viro de Liaj rango kaj aĝo elmontradis por veroj, kiuj ĉefe interesis la teologojn de Islámo. Ili sentis sin senpovaj disputi la pravecon de Liaj argumentoj aŭ malgrandigi la aferon, kiun Li tiel lerte klarigis. Ili adminrs la altecon de Lia entuziasmo kaj la profundecon de Liaj pensoj, kaj ili profunde impresiĝis pri Liaj sindediĉo kaj abnegacio.

Neniu kuraĝis kontraŭstari Liajn opiniojn krom Lia onklo `Azíz, kiu kuraĝis kontraŭstari Lin, disputante Liajn diraĵojn kaj kalumniante ilian veron. Kiam tiuj, kiuj aŭdis lin, volis silentigi tiun ĉi kontraŭulon kaj malutili lin, Bahá'u'lláh intervenis pro li kaj konsilis al ili, ke ili lasu lin en la manoj de Dio. Timegigite, li petis la helpon de la mujtahid de Núr, Mullá Muḥammad, kaj petegis, ke tiu tuj helpu lin. *„Ho reprezentanto de la Profeto de Dio!" li diris. „Rigardu, kio okazis al la Kredo. Junulo, laiko, vestita en robo de nobleco, venis al Núr, invadis la fortikaĵon de ortodokseco kaj dosrompis la sanktan Kredon de Islámo. Leviĝu kaj kontraŭstaru lian atakon. Kiu ajn atingas lian ĉeeston tuj ensorĉiĝas pro li kaj raviĝas pro la potenco de lia eldirado. Mi ne scias, ĉu li miksas kun sia teo ian misteran substancon, kiu allogas al si ĉiun, kiu trinkas la teon."* La mujtahid, malgraŭ sia propra nekompreno, povis konstati la malsaĝecon de tiaj vortoj. Ŝerce li diris: *„Ĉu vi ne trinkis lian teon aŭ aŭdis lin, kiel li alparolas siajn kunulojn?" „Mi trinkis,"* li respondis, *„sed dank' al via amema protektado, mi restis imuna je la efikaĵo de lia mistera potenco."* La mujtahid, trovante sin senpova instigi la loĝantaron kontraŭ Bahá'u'lláh kaj rekte kontraŭstari la ideojn, kiujn tia potenca kontraŭulo sentime disvastigadas, kontentiĝis per skribita proklamo, en kiu li deklaris: *„Ho `Azíz, ne tiu, neniu kuraĝos ĝeni vin."* Skribinte tion ĉi, la mujtahid, pro gramatika eraro, tiel malbone aplikis la sencon de sia proklamo, ke tiuj inter la konatuloj de la vilaĝo Tákur, kiuj legis ĝin, skandaliĝis pro ĝia signifo kaj malbonpriparolis kaj la prtanton kaj la aŭtoron de tiu proklamo.

Tiuj, kiuj atingis la ĉeeston de Bahá'u'lláh kaj aŭdis Lin klarigi la Revelacion proklamintan de Báb, estis tiel impresitaj per la fervoro de Lia alvoko, ke ili tuj leviĝis por dissemi tiun saman Revelacion inter la loĝantoj de Núr kaj por laŭdi la virtecon de ĝia eminenta Progresiganto. Dume, la disĉiploj de Mullá Muḥammad penis inklinigi sian instruiston, ke li iru en Tákuron por viziti Bahá'u'lláhon persone por sciiĝi de Li la ecaron de ĉi tiu nova Revelacio kaj por klerigi siajn sekvantojn pri ĝiaj karaktero kaj celo. La mujtahid eviteme respondis al ilia fervora petego. Tamen, liaj disĉiploj rifuzis akcepti la validecon de liaj kontraŭargumentoj. Ili insistis, ke la unua devo de viro en lia pozicio, kies ofico postulas, ke li gardu la netuŝeblecon de ŝiana Islámo, estas tio, ke li devas esplori la ecaron de ĉiu movado, kiu emas influi la solidarecon de ilia Kredo. Mullá Muḥammad fine decidis delegi du el siaj eminentaj helpantoj, Mulla `Abbás kaj Mírzá Abu'l-Qásim, kiuj estis ambaŭ bofiloj kaj fidindaj disĉiploj de la mortinta mujtahid, Mírzá Muḥammad-Taqí, ke ili vizitu Bahá'u'lláhon kaj determinu la veran karakteron de la Revelacio, kiun Li alportis. Li promesis konsenti senescepte al ĉiuj iliaj konkludoj kaj akcepti kiel fina ilian juĝon pri tiuj aferoj.

Sciiĝinte ĉe sia alveno en Tákuron, ke Bahá'u'lláh jam foriris al sia vintra vizitadejo, la reprezentantoj de Mullá Muḥammad decidis iri tien. Kiam ili alvenis, ili trovis Bahá'u'lláhon revelacianta komentarion pri la malferma Súrih de la Korano, titolita *„La Sep Versoj de Ripetado."* Dum ili sidis kaj aŭskultis Lian predikon, la alteco de la temo, la konvinka elokventeco, kiu karakterizis ĝian prezentadon, kiel ankaŭ la eksterordinara maniero de ĝia eldirado, profunde impresis ilin. Mullá `Abbás, senpova deteni sin, leviĝis de sia sidejo kaj instigita de impulso, kiun li ne povis rezisti, iris reen kaj staris silente apud la pordo en sintenado de respektema submetiĝo. La ĉarmo de la aŭskultata prediko ensorĉis lin. *„Vi vidas mian staton,"* li diris kun larplenaj okuloj al sia kunulo, dum li staris tremanta pro emocio. *„Mi estas senpova demandi Bahá'u'lláhon. La demandoj, kiujn mi intencis fari al Li, subite malaperis el mia memoro. Vi estas*

[123] „Lia (de Bahá'u'lláh) parolmaniero estis kiel »kureganta torento, kaj lia klara interpretado venigis la plej klerajn teologojn őe liajn piedojn.«" („La Akordiăo inter Gentoj kaj Religioj," p. 120, de d-ro T.K. Cheyne.)

*libera aŭ komenci vian esploron aŭ reiri sola al nia instuisto kaj sciigi al li la staton, en kiu mi trovas min. Diru al li de mi, ke `Abbás neniam povos reveni al li. Li ne povas plu forlasi tiun ĉi sojlon."* Mírzá Abu'l-Qásim same sentis sin instigita sekvi la ekzemplon de sia kunulo. *„Mi ĉesis atenti mian instuiston,"* estis lia respondo. *„Eĉ en ĉi tiu momento mi ĵurpromesis al Dio, ke de nun mi dediĉos mian tutan vivon en servado al* Bahá'u'lláh*, mia vera kaj sola Majstro."*

La novaĵo pri la subita konvertiĝo de la elektitaj senditoj de la mujtahid de Núr disvastiĝis kun konfuziga rapideco ĉie tra la regiono. Ĝi aktivigis la loĝantojn el ilia letargio. Eklezaj altranguloj, ŝtataj oficistoj, komercistoj kaj kamparanoj amasiĝadis al la loĝejo de Bahá'u'lláh. Sufiĉe granda aro inter ili volonte alprenis Lian Aferon. En sia admiro por Li, aro de la plej eminentaj inter ili diris: *„Ni vidas, kiel la loĝantoj de* Núr *leviĝis kaj rekolektiĝis ĉirkaŭ vi. Ni vidas ĉiuflanke signojn de ilia ĝojego. Se* Mullá Muḥammad *ankaŭ kuniĝus kun ili, la triumfo de ĉi tiu Kredo estus tute certigita." „Mi venis al* Núr*,"* Bahá'u'lláh respondis, *„sole por proklami la Aferon de Dio. Mi ne havas alian intencon. Se oni dirus al Mi, ke ĉe distanco de cento da trimejloj serĉadanto sopiras la Veron kaj ne povas renkonti Min, Mi ĝoje kaj senhezite rapidus al lia loĝejo kaj Mi mem satigus lian malsaton.* Mullá Muḥammad*, oni diras, loĝas en* Sa`ádat-Ábád*, vilaĝo ne tre malproksime de ĉi tiu loko. Estas Mia intenco viziti lin kaj transdoni al li la Revelacion de Dio."*

Dezirante efektivigi siajn vortojn, Bahá'u'lláh, akompanante de aro da siaj kunuloj, iris tuj al tiu vilaĝo. Mullá Muḥammad plej solene akceptis Lin. *„Mi ne venis tien ĉi,"*, Bahá'u'lláh diris, *„por oficiale aŭ formale viziti vin. Mia celo estas klerigi vin pri nova kaj mirinda Revelacio direvelaciita kaj plenumanta la promeson faritan al* Islámo*. Kiu ajn aŭskultas al ĉi tiu Revelacio, tiu sentas ĝian nekontraŭstareblan potencon kaj transformiĝas per la potenco de ĝia beleco. Rakontu al mi tion, kio konfuzas vian animon aŭ malhelpas al vi ekkoni la Veron."* Mullá Muḥammad kontraŭeme diris: *„Mi nenion entreprenas antaŭ ol mi unue konsultas la Koranon. Ĉiam, en tiaj okazoj, mi kutimas peti la helpon de dio kaj Liajn benojn; mi kutimas malfermi hazarde Lian sanktan Libron kaj konsulti la unuan verson de tiu paĝo, kiun miaj okuloj okaze vidas. Pro la karaktero de tiu verso mi povas decidi la saĝecon kaj prudetecon de mia intencata agado."* Trovante, ke Bahá'u'lláh ne emas rifuzi lian peton, la mujtahid havigis al si ekzempleron de la Korano, malfermis kaj refermis ĝin, rifuzante sciigi al la ĉeestantoj la karakteron de la verso. Li nur diris: *„Mi konsultis la Libron de Dio, kaj mi opinias, ke ne estas konsilinde daŭrigi tiun ĉi aferon."* Kelkaj kunsentis kun li; la ceteraj plejparte tute ekkonis la timon, kiun tiuj vortoj signifas. Bahá'u'lláh, kiu ne emis plue emarasi lin, leviĝis kaj, petante forpermeson, kore adiaŭis lin.

Unu tagon, dum unu el siaj rajdeksursoj en la kamparon, Bahá'u'lláh, akompanante de siaj kunuloj, vidis solecan junulon sidantan ĉe la vojflanko. Liaj haroj estis malordigitaj, kaj li portis robon de derviŝo. Ĉe flanko de rivereto li estis ekbruliginta fajron, kaj li estis kiuranta kaj manĝanta sian nutraĵon. Alproksimiĝante al li, Bahá'u'lláh plej ameme demandis: *„Diru al Mi, derviŝo, kion vi faras?" „Mi manĝas Dion,"* li nekaŝeme respondis. *„Mi kiuras Dion kaj bruligas Lin."* La senarta naiveco de liaj moroj kaj la malkaŝemo de lia respondo ege plaĉis al Bahá'u'lláh. Li ridetis pri lia respondo, kaj kun nedetena amemo kaj nekaŝo Li komencis konversacii kun li. Post mallonga tempospaco Bahá'u'lláh tute alligis lin. Klerigite pri la vera ecaro de Dio, kaj kun animo purigita de la vanaj kapricoj de siaj samkredantoj, li tuj ekkonis la Lumon, kiun tiu amema Fremdulo tiel neatendite alportis al li. Tiu derviŝo, kies nomo estis Muṣṭafá, tiel enamiĝis en la instruojn, kiuj estis inspiritaj en lian animon, ke, postlasante la kuirilojn, li tuj leviĝis kaj sekvis Bahá'u'lláhon. Piede, malantaŭ Lia ĉevalo, kaj flamigita per la fajro de Lia amo, li gaje kantis versojn de amkanto, kiun li ĝus verkis, kaj kiun li dediĉis al sia Amato. *„Vi estas la Suno de gvidado,"* estis ĝia ĝoja reakntaĵo. *„Vi estas la Lumo de Vero. Senvualiĝu al la homaro, ho Revelacianto de la Vero."* Kvankam en postaj jaroj tiu poemo multe disvastiĝis inter liaj samlandanoj, kaj iĝis konate, ke certa derviŝo alnomita Majdhúb, kaj kies nomo estas Muṣṭafá Big-i-Sanandají, verkis ĝin senantaŭpense por laŭdi sian Amaton, tamen neniu ŝajnis scii, al kiu ĝi efektive alludas, kaj oni ne suspektis, en la tempo, kiam Bahá'u'lláh ankoraŭ estis vualita de la okuloj de la homaro, ke ĉi tiu derviŝo sola ekkonis Lian rangon kaj eltrovis Lian gloron.

La vizito de Bahá'u'lláh en Núr kaŭzis la plej vastajn rezultojn kaj donis rimarkindan antaŭenpuŝon al la disvastigo de la novenaskita Revelacio. Per sia magneta elokventeco, per la ĉasteco de sia vivo, per la digno de sia sintenado, per la nerifutebla logiko de siaj argumentoj, kaj per la multaj signoj de sia korfavoro, Bahá'u'lláh allogis la korojn de la loĝantoj de Núr, vivigis iliajn animojn kaj enskribis ilin sub la standardon de la kredo. Tiel efikis Liaj vortoj kaj faroj, dum Li rondiris por prediki la Aferon kaj malkaŝi ĝian gloron al siaj samlandanoj en Núr, ke eĉ la tieaj ŝtonoj kaj arboj ŝajnis esti vivigitaj per al ondoj de la spoirita potenco, kiu devenis de Li. Ĉio ŝajnis esti dotita de nova kaj pli plena vivo, ĉio ŝajnis laŭte proklami: „Jen, la Belo de Dio malkaŝiĝis! Leviĝu, ĉar Li venis en sia tuta gloro." Post al foriro de Bahá'u'lláh el inter ili, la loĝantoj de Núr daŭrigis antaŭenigi la Aferon kaj firmigi ĝian fundamenton. Multaj el ili elportadis la plej severajn afliktojn pro Li; aliaj eltrinkis kun ĝojo la kalikon de martiriĝo sur Lia vojo. Mázindarán ĝenerale, kaj precipe la urbo Núr, distingiĝis tiele de la aliaj provincoj kaj distriktoj de Persujo kiel la unuaj, kiuj avide akceptis la Dian Revelacion. La distrikto Núr, laŭlitere „lumo," kiu kuŝas meze de la montoj de Mázindarán, estis la unua, kiu kaptis la rodiojn de la Suno, kiu leviĝis en Shíráz; la unua, kiu proklamis al la cetero de Persujo, kiu ankoraŭ restis envolvita en la ombro de la valo de sentento, ke la Suno de ĉiela gvidado fine leviĝis por varmigi kaj lumigi la tutan landon.

Kiam Bahá'u'lláh ankoraŭ estis infano, la Veziro, Lia patro, sonĝis sonĝon. Ŝajnis al li, ke Bahá'u'lláh naĝas en vasta, senlima oceano. Lia korpo brilis sur la akvego kun radieco, kiu lumigis la maron. Ĉirkaŭ Lia kapo, kiu estis klare videbla sur la akvego, etendiĝis en ĉiujn direktojn Liaj longaj, gagatnigraj bukloj, naĝantaj abundege sur la ondoj. Dum li sonĝis, granda aro de fiŝoj amasiĝis ĉirkaŭ Li, ĉiu tenadanta ekstremaĵon de po unu haro. Ensorĉitaj de la brilego de

Lia vizaĝo, ili sekvis Lin en kiun ajn direkton Li naĝis. Kiel ajn granda estis ilia nombro, kaj kiel ajn firme ili tenadis Liajn buklojn, tamen neniu unuipa haro ŝajnis apartiĝi de Lia kapo, nek la malplej granda malutilo okazis al Li. Libera kaj nedetenita Li moviĝis sur al akvego, kaj ili ĉiuj sekvis Lin.

La Veziro, multe impresita pro ĉi tiu sonĝo, alvokis antaŭdiriston, kiu atingis famon en tiu regiono, kaj petis, ke tiu klarigu ĝin al li. Ĉi tiu viro, kvazaŭ inspirita de antaŭsento pri la estonta gloro de Bahá'u'lláh, deklaris: *„La senlima oceano, kiun vi vidis en via sonĝo, ho Veziro, estas nenio alia, ol ĉi tiu mondo de ekzistado. Unuopa kaj sola, via filo atingos superan plipotencon super ĝi. Kien ajn Li deziros, tien Li iros nemalhelpite. Neniu kontraŭstaros Lian antaŭeniron, neniu malhelpos Lian progresadon. La aro de fiŝoj signifas la tumulton, kiun Li vekos inter la popoloj kaj gentoj de la tero. Ili amasiĝos ĉirkaŭ Li, kaj al Li ili alkroĉiĝos. Pro certeco pri la ĉiama protekto de la Ĉiopova, ĉi tiu tumulto neniam malutilos Lin, nek Lia soleco sur la maro de la vivo endanĝerigos Lin."*

Oni poste alkondukis tiun antaŭdiriston por vidi Bahá'u'lláhon. Li rigardadis Lian vizaĝon kaj atente ekzamenis Liajn trajtojn. Li estis ĉarmita de Lia aspekto, kaj li laŭdis ĉiun trajton de Lia vizaĝo. Ĉiu mieno de tiu vizaĝo elmontri al liaj okuloj signon de Lia kaŝita gloro. Tiel granda estis lia admiro, kaj tiel senŝpara estis lia laŭdo pri Bahá'u'lláh, ke de tiu tago la Veziro iĝis eĉ pli pasie sindona al sia filo. La vortoj parolitaj de tiu antaŭdiristo emis fortikigi liajn esperon kaj fidon por Li. Kiel jakob, li deziris nur certigi la bonstaton de sia amata Jozef kaj ĉirkaŭi Lin per sia amema protektado.

Ḥájí Mírzá Áqásí, la Granda Veziro de ŝaho Muḥammad, kvankam tute kontraŭiĝinte al la patro de Bahá'u'lláh, tamen elmontris al lia filo ĉian signon de indulgo kaj favoro. Tiel granda estis la estimo, kiun la Ḥájí elmontris al Li, ke Mírzá Áqá Khán-i-Núrí, la I`timádu'd-Dawlih, kiu postvenis Ḥájí Mírzá Áqásíon, sentis sin enviema. Li kontraŭsentis la superecon, kiun Bahá'u'lláh, kiel nura junulo, akiris super li. De tiu tempo la semoj de ĵaluzo enplantiĝis en lian koron. Kvankam li estas ankoraŭ junulo, kaj dum lia patro ankoraŭ vivas, li pensis, oni donas al li antaŭecon en la ĉeesto de la Granda Veziro. Mi miras, kio okazos al mi, kiam ĉi tiu junulo estos postveninta sian patron?

Post la morto de la Veziro, Ḥájí Mírzá Áqásí daŭrigis elmontri plejan indulgon al Bahá'u'lláh. Li kutimis viziti Lin ĉe Lia hejmo, kaj li alparolis Lin kvazaŭ Li estus lia propra filo. Tamen, la sincereco de lia sindono tre baldaŭ elproviĝis. Unu tagon, trapasante la vilaĝon Qúch-Ḥiṣár, kiu apartenis al Bahá'u'lláh, li tiel impresiĝis pri la ĉarmo kaj belo de tiu loko kaj la abundeco de ĝia akvo, ke li ekpensis, ke li fariĝu ĝia posedanto. Bahá'u'lláh, kiun li alvokis por efektivigi la tujan aĉeton de tiu vilaĝo, diris: *„Se ĉi tiu bieno estus ekskluzive la mia, mi certe konsentus vian deziron. Ĉi tiu nedaŭra vivo, kun ĉiuj ĝiaj malnoblaj posedaĵoj, meritas nenian alkroĉiĝon en miaj okuloj, kiom des malpli ĉi tiu malgranda kaj sensignifa bieno. Ĉar multaj aliaj loĝantoj, riĉaj kaj malriĉaj, kelkaj el ili plinaĝaj kaj kelkaj ankoraŭ neplenaĝaj, dividas kun mi la posedantecon de ĉi tiu bieno, mi deziras peti, ke vi transdonu la aferon al ili kaj petu ilian konsenton."* Nekontenta pri ĉi tiu respondo, Ḥájí Mírzá Áqásí penis malhoneste atingi sian celon. Tuj kiam Bahá'u'lláh sciiĝis pri liaj malbonaj projektoj, kun la konsento de ĉiuj koncernataj Li transdonis la posedrajton de la bieno al na nome de la fratino de ŝaho Muḥammad, kiu jam multfoje esprimis sian deziron fariĝi ĝia posedantino. La Ḥájí, furioza pri ĉi tiu negoco, ordonis, ke la bieno estu perforte ekokupita, pretendante, ke li jam aĉetis ĝin de ĝia origina posedanto. La agentoj de la fratino de la ŝaho severe riproĉis la reprezentantojn de Ḥájí Mírzá Áqásí kaj petis, ke tiuj sciigu sian majstron pri la decido de tiu sinjorino, ke ŝi instistos pri siaj rajtoj. La Ḥájí transdonis la aferon al ŝaho Muḥammad kaj plendis pri la maljusta agmaniero, al kiu oni submetigis lin. Tiun saman nokton, la fratino de la ŝaho sciigis al li la karakteron de la negoco. *„Multfoje,"* ŝi diris al sia frato, *„via Imperiestra Moŝto afable esprimis vian deziron, ke mi vendu la juvelojn, per kiuj mi kutimas ornamiĝi en via ĉeesto, kaj aĉetu per la ricevaĵo ian bienon. Fine mi sukcesis plenumi vian deziron. Tamen, Ḥájí Mírzá Áqásí nun tute decidis perforte ekpreni ĝin de mi."* La saho trankviligis sian fratinon kaj ordonis al la Ḥájí, ke li forlasu sian pretendon. Ĉi tiu, en sia malespero, alvokis al si Bahá'u'lláhon, kaj per ĉiu artifiko li penis malestimigi Lian nomon. Bahá'u'lláh insiste respondis al la akuzoj, per kiuj li kulpigis Lin, kaj Li sukcesis pruvi sian senkulpecon. En sia senpova kolerego la Granda Veziro ekkriis: *„Pro kio tiu ĉi senĉesa festado kaj regalado, kiu ŝajnas ĝojigi vin? Mi, kiu estas la Ĉefministro de la Sháhanshíh de Persujo, neniam akceptas la grandnombrajn kaj diverstipajn gastojn, kiuj amasiĝas ĉirkaŭ via tablo ĉiunokte. Pro kiu ĉiu ĉi malŝparemo kaj vanteco? Vi certe konspiras intrigon kontraŭu mi!" „Pardonema Dio!"* Bahá'u'lláh respondis. *„Ĉu tiu, kiu pro korpleneco dividas sian panon kun siaj kunuloj, estu akuzata pri tiu, ke li kaŝas en si krimajn intencojn?"* Ḥájí Mírzá Áqásí konfuzegiĝis. Li kuraĝis nenian respondon. Kvankam subtenata de la kombinitaj eklezioj kaj civilaj potenculoj de Persujo, tamen li fine trovis sin tute venkita en ĉiu kontraŭbatalo, kiun li entreprenis kontraŭ Bahá'u'lláh.

En multaj aliaj okazoj la plipotenco de Bahá'u'lláh super siaj kontraŭulojestis same pravigita kaj ekkonita. Ĉi tiuj de Li akiritaj triumfoj emis plialtigi Lian staton kaj disvastigi Lian famon. Ĉiuj klasoj de homoj miris pri Lia mirakla sukceso, ke Li eliĝis sendifekta el la ple danĝeraj atakoj. Nenio alia, ol la Dia protektado, ili pensis, povis certigi Lian sendanĝerecon en tiuj okazoj. Kiel ajn persekutata Bahá'u'lláh estis de la plej grandaj danĝeroj, tamen Li neniam submetigis al la aroganteco, la avareco kaj la perfido de la homoj ĉirkaŭ Li. En sia daŭra kuneco en tiuj tagoj kun la plej altrangaj oficistoj de la regno, ĉu eklezioj aŭ ŝtataj, Li neniam kontrentiĝis simple cedi sin al la opinioj, kiujn ili esprimis, aŭ la pretendoj, kiujn ili prezentis. Ĉe iliaj kunvenoj Li sentime probatalis pro la afero de vero, pretendis la rajtojn de la malaltigitaj, defendis la malfortulojn kaj protektis la senkulpulojn.

## *Ĉapitro VI*
## *La Vojaĝo de Mullá ḥusayn al Khurásán*

Dum Báb adiaŭis la Literojn de la Vivanto, Li ordonis al ili, ke ĉiu registru aparte la nomon de ĉiu kredanto, kiu estos akceptinta la Kredon kaj dediĉos sin al ĝiaj instruoj. Li ordonis, ke ili enmetu la liston de ĉi tiuj kredantoj en sigelitajn leterojn kaj sendu ilin al Lia patrinflanka onklo, ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, en Shíráz, kiu siavice transdonus ilin al Li. *„Mi enklasigos tiujn ĉi listojn,"* Li diris al ili, *„en dekok arojn de po deknaŭ nomoj en ĉiu aro. Ĉiu aro estos unu váḥid.*[124] *Ĉiuj ĉi tiuj nomoj en ĉi tiuj dekok aroj, kune kun la unua váḥid konsistanta el Mia propra nomo kaj tiuj de la dekok Literoj de la Vivanto, formos la nombron Kull-i-Shay'*[125]*. Ĉiujn ĉi kredantojn mi mencios en la Tabuleto de Dio, por ke la Amato de niaj koroj, en la Tago, kiam Li estos atinginta la tronon de gloro, donu al ĉiu el ili siajn netakseblajn benojn kaj proklamu ilin la loĝadantoj de sia Paradizo."*

Al Mullá ḥusayn precipe Báb difinite ordonis, ke li sendu al Li skribitan raporton pri la karaktero kaj progreso de siaj agadoj en Iṣfáhán, en ṭihrán kaj en Khurásán. Li instigis, ke tiu sciigu Lin pri tiuj, kiuj estos akceptintaj la Kredon kaj estos submetiĝintaj al ĝi, kiel ankaŭ pir tiuj, kiuj estos malakceptintaj kaj malkonfesintaj ĝian veron. *„Ĝis Mi ricevos vian leteron de Khurásán,"* Li diris, *„Mi ne estos preta eliri el ĉi tiu urbo por Mia pilgrimado al ḥijáz."*

Mullá ḥusayn, refreŝigita kaj fortikigita per la travivaĵo de sia interrilato kun Bahá'u'lláh, eliris por sia vojaĝo al Khurásán. Dum sia vizito en tiu provinco li mirege elmontradis la efikojn de tiu regenerada potenco, per kiu la adiaŭaj vortoaj de Báb ĉirkaŭis lin.[126]La unua, kiu en Khurásán akceptis la Kredon, estis Mírzá Aḥmad-i-Azghandí, la plej klera, plej saĝa kaj plej eminenta inter la ulemoj de tiu provinco. Ĉe kiu ajn kunveno li aperis, kiel ajn grandnombra aŭ eminenta estis la karaktero de la ĉeestantaj teologoj, li sola estis ĉiam la ĉefparoladanto. La altaj ecoj de lia karaktero, kiel ankaŭ lia ega pieco, nobligis la reputacion, kiun li jam akiris pro sia erudicio, siaj kapableco kaj saĝeco. La dua inter la shaykhanoj de Khurásán, kiu akceptis la Kredon, estis Mullá Aḥmad-i-Mu`allim, kiu en Karbilá estis la instruisto de la infanoj de Siyyid Káẓim. Lin sekvis Mullá Shaykh `Alí, kiun Báb alnomis `Aẓím, kaj poste Mullá Mírzá Muḥammad-i-Fúrúghí, kies klereco estis nesuperebla krom de tiu de Mírzá Aḥmad. Neniu krom ĉi tiuj elstarantaj personoj inter la ekleziaj ĉefoj de Khurásán uzis aufiĉan aŭtoritatecon aŭ posedis la scion necesan por disputi la argumentojn de Mullá ḥusayn.

Mírzá Muḥammad Báqir-i-Qá'iní, kiu dum la restantaj jaroj de sia vivo estis stariginta sian loĝejon en Mashhad, estis la sekvinta, kiu akceptis la Revelacion. La amo de Báb flamigis lian animon per tia bruliganta pasio, ke neniu povis rezisti ĝian forton aŭ malgrandigi ĝian influon. Lia sentimo, lia malindulga energio, lia sendekliniĝa lijaleco kaj la rekteco de lia vivo, ĉiuj ĉi kombiniĝis por fari lin la teruro de siaj malamikoj kaj fonto de inspirado al siaj amikoj. Li disponigis sian hejmon al Mullá ḥusayn, aranĝis apartajn intervjuojn inter li kaj la ulemoj de Mashhad, kaj pleje penadis por forigi ĉiun malhelpon, kiu emus malakceli la progreson de la Kredo. Li estis senlaca en siaj penoj, nedeflankeĝanta en sia celo kaj neelĉerpebla en sia energio. Li daŭrigis labori nelacigeble por sia amata Afero ĝis la lasta horo de sia vivo, kiam li martiriĝis ĉe la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí. En liaj lastaj tagoj, post la tragedia morto de Mullá ḥusayn, Quddús ordonis al li preni sur sin la ĉefecon super la heroaj defendantoj de tiu fortikaĵo. Li kondutis glore en sia tasko. Lia hejmo, likita en Bálá-Khíyábán, en la urbo Mashhad, estas ĝis nun konata per la nomo Bábíyyih. Kiu ajn eniras ĝin povas neniam eviti akuzon, ke li estas bábano. Lia animo ripozu pace!

Mullá ḥusayn, tuj kiam li gajnis por la Afero tiajn kapablajn kaj sindonajn subtenantojn, decidis skribi al Báb raporton pri siaj agadoj. En is komuniko li priskribis detale sian viziton en Iṣfáhán kaj Káshán, raportis pri lia travivaĵo kun Bahá'u'lláh, aludis al ĉi ties foriro al Mázindarán, priskribis la okazintaĵojn en Núr, kaj sciigis Lin pri la sukceso, kiu karakterizis liajn proprajn penojn en Khurásán. Li enmetis en ĝin liston de la nomoj de tiuj, kiuj respondis al lia alvoko, kaj pri kies konstanteco kaj sincereco li estis certa. Li sendis sian leteron voje de Yazd, per la fidindaj kunuloj de la patrinflanka onklo de Báb, kiuj en tiu tempo estis loĝantaj en ṭabas. Tiu letero atingis Bábon en la nokto antaŭ la dudek sepa tago de Ramaḍán,[127] nokto, kiun ĉiuj sektoj de Islámo ege respektas, kaj kiun multaj konsideras, ke ĝi rivalas en

---

[124] La nobra valoro de la vorto „váḥid", kiu signifas ˇunueco," estas 19.

[125] La nombra valoro de „Kull-i-Šľay'", kiu signifas „őio" estas 361, aů 19 x 19.

[126] „La pilgrimanto kutimis utili sian restadon, kiun li plidaůrigis laůbezone en őiuj vilaăoj, urbetoj kaj urboj laůlonge de sia vojo, por konferenci, argumenti kontraů la mulláoj, konigi la verkojn de Báb kaj prediki Liajn doktrinojn. Oni invitis lin őiuloken, oni atendis lin malpacience; scivoleme oni deziris lin, avide oni aůskultis lin, facile oni kredis lin. Estis precipe en Níšľápúr, ke li igis du gravajn konvertigojn, nome, Mullá `Abdu'l-Ňľáliq de Yazd kaj Mullá `Alí la pli juna. La unua el őí tiuj doktoroj estis lerninto de Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í. Li estis eminenta pro siaj csio kaj elokventeco, kaj pro sia rango inter la popolo. La alia, šľayňľo kiel la unua, de senindulga vivmaniero kaj granda komprenpovo, okupis la gravan postenon de őefa mujtahid de la urbo. Ambaů fariăis fervoregaj bábanoj, kaj la katedroj de la moskeoj resonegis per la plej fortegaj predikadoj kontraů Islámo. Dum kelkaj semajnoj oni estus povinta opinii, ke la malnova religio estas definitive venkita. La ekleziularo, senkuraăigita per la deflankiăo de sia őefo, timegigita per la publikaj predikoj, kiuj tiel malmulte indulgis ilin, aů ne kuraăis montri sin publike aů forkuris. Kiam Mullá ḥusayn-i-Bušľrú'í alvenis al Mašľhad, li trovis unuflanke la loăantaron malkvietigita kaj malkonkordigita pri lia temo; laiflanke li trovis la ekleziularon plene informita, tre maltrankviligita, sed ege kolerigita kaj decidinta fortike rezisti la atakojn celotajn kontraů si." („Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," pp.139-140, de la Comte de Gobineau.)

[127] Ői tiu dato estas konforme al la nokto antaů la 10an de oktobro, 1844 p.Kr.

sankteco eĉ la Laylatu'l-Qadron, la nokto, kiu, laŭ la vortoj de la Korano *„superas mil monatojn."*[128] La sola kunulo de Báb, kiam tiu letero atingis Lin, estis Quddús, al kiu Li konfidis kelkajn el ĝiaj eltiraĵoj.

Mi aŭdis Mírzá Aḥmadon rakonti la jenon: *„La patrinflanka onklo de Báb mem priskribis al mi la cirkonstancojn, kiuj karakterizis la akcepton fare de Báb de la letero de Mullá ḥusayn: »Tiun nokton mi vidis sur la vizaĝoj de Báb kaj Quddús tiajn signojn de ĝojo kaj feliĉo, ke mi estas senpova priskribi ilin. En tiuj tagoj mi ofte aŭdis Bábon ĝojege ripeti la vortojn, „Kiel mirinda, kiel ege mirinda, estas tio, kio okazis inter la monatoj Jamádí kaj Rajab!" Dum Li legis la komunikon skribitan al Li de Mullá ḥusayn, Li turnis sin al Quddús kaj, montrante al li certajn eltiraĵojn el tiu letero, klarigis la kialon de siaj ĝojaj esprimoj de surprizo. Miaparte, mi tute ne sciis la karakteron de tiu klarito.«"*

Mírzá Aḥmad, kiu profunde impresiĝis pri la rakonto de ĉi tiu okazintaĵo, decidis solvi ĝian misteron. *„Ĝis mi renkontis Mullá ḥusaynon en Shíráz,"* li diris al mi, *„mi ne sukcesis kontentigi mian sciemon. Kiam mi ripetis al li la rakonton priskribitan al mi de la onklo de Báb, li ridetis kaj diris, ke li tre bone memoras, ke inter la monatoj Jamádí kaj Rajab li okaze estis en ṭihrán. Li ne faris pluan klarigon kaj kontentiĝis per ĉi tiu mallonga diraĵo. Tamen, ĉi tio sufiĉis por konvinki min, ke en la urbo ṭihrán estas kaŝita mistero, kiu, kiam ĝi estos malkaŝita al al mondo, alpirtus neesprimeblan ĝojon en la korojn kaj de Báb kaj de Quddús."*

La aludoj en la letero de Mullá ḥusayn pri la tuja respondo de Bahá'u'lláh al la Dia Revelacio, pri la forta agado, kiun Li kuraĝe komencis en Núr, kaj pri la mirinda sukceso, kiu karakterizis Liajn penojn, kuraĝigis kaj feliĉigis Bábon kaj plifortigis Lian fidon pri la fina triumfo de lai Afero. Li sentis sin certa, ke, se nun Li subite viktimiĝus pro la tiraneco de Liaj malamikoj kaj forirus el ĉi tiu mondo, vivus la Afero, kiun Li revelaciis; ke sub la gvidado de Bahá'u'lláh ĝi daŭrigus evolui kaj prosperi kaj fine priduktus ĝiajn plej bonajn fruktojn.  La majstra mano de Bahá'u'lláh direktus ĝian vojon, kaj la trapenestra influo de Lia amo starigus ĝin en la homajn korojn. Tia konvinko fortikigis Lian spiriton kaj plenesperigis Lin. De tiu momento forlasis Lin entute Liaj timoj pri baldaŭaj danĝeroj. Kvazaŭfenikse Li ĝoje akceptis la fajron de malfeliĉo kaj ĝojegis en la ardeco kaj varmeco de ĝia flamo.

## *Ĉapitro VII*
## *La Pilgrimado de Báb al Mekko kaj Medino*

Laletero de Mullá ḥusayn decidigis Bábon entrepreni sian projektitan pilgrimadon al ḥijáz. Alkonfidante sian edzinon al sia patrino, kaj konfidante ambaŭ al la prizorgo kaj protektado de sia patrinflanka onklo, Li kuniĝis kun la pilgrimantaro de Fárs, kiu estis pretiganta sin por foriri el Shíráz al Mekko kaj Medino.[129] Quddús estis Lia sola kunulo kaj la etiopa servanto Lia persona deĵoranto. UnueLi iris al Búshihr, la sidejo de la komercaj aferoj de sia onklo, kie antaŭe, dum intima kunesto kun tiu, Li vivis kiel senpretenda komercisto. Farinte tie la preparajn aranĝojn por lia longa kaj peniga vojaĝo, Li enŝipiĝis en velŝipon, kiu post du monatoj de malrapida, malserena kaj malregulara veturado, albordigis Lin sur la bordojn de tiu sankta lando.[130] La malserena maro kaj la tuta foresto de komforto ne povis interrompi la regulecon de Liaj Diservoj nek malkvietigi la trankvilecon de Liaj meditadoj kaj preĝoj. Forgesema pri la ŝtormo, kiu furiozas ĉirkaŭ Li, kaj ne senkuraĝigita de la malsano, kiu ekkaptis Liajn kunpilgrimantojn, Li daŭre pasigis la tempon diktadante al Quddús tiujn preĝojn kaj epistolojn, kiun Li sentis sin inspirita revelacii.

Mi aŭdis ḥájí Abu'l-ḥasan-i-Shírázíon, kiu estis vojaĝanta per la sama ŝipo kiel Báb, priskribi la cerkonstancojn de tiu memorinda vojaĝo: *„Dum la tuta periode de proksimume du monatoj,"* li asertis, *„de la tago, kiam ni enŝipiĝis ĉe Búshihr, ĝis la tago, kiam ni elŝipiĝis ĉe Jaddih, la haveno de ḥijáz, kiam ajn mi okaze renkontis aŭ Bábon aŭ Quddúson, ĉu tage aŭ nokte, mi ĉiam trovis ilin kune, ambaŭ enprofundiĝintaj en sia laboro. Báb ŝajnis dikti, kaj Quddús okupiĝis je notado de tio, kion Liaj lipoj eldiris. Eĉ en la tempo, kiam paniko ŝajnis ekkapti la pasaĝerojn de tiu ŝtormskuata ŝipo, oni vidadis ilin daŭrigantajn sian laboron kun nemaltrankviligataj konfidenco kaj kvieteco. Nek la*

[128] La Laylatu'l-Qadr, laŭlitere „Nokto de Potenco," estas unu el la lastaj dek noktoj de Ramaďán kaj, laŭ ĝenerala opinio, la sepa el tiuj noktoj, se oni kalkulas returne.

[129] Laŭ la historio de ḥájí Mu`ínú's-Salṭanih (p.72), Báb ekspilgrimis al Mekko kaj Medino en la monato Šľavvál, 1260 p.H. (Okt., 1844 p.Kr.)

[130] „Li havis ege malbonan impreson pri sia vojaĝo. »Sciu, ke la marvojoj estas malfacilaj; Ni ne ŝatas ilin por niaj kreduloj; vojaĝu laŭ la teraj vojoj.« Li skribis al sia onklo en la Kitáb-i-Baynu'l-ḥaramayn, kiel ni vidos poste. Li daŭre skribis pri tiu temo en la Bayán. Ne opiniu, ke tio estas infanaĵo. La sento, kiu instigis Bábon en ĉi tiu mara teruro, estas pli nobla kaj pli alta. Frapite de la egoismo de la pilgrimantoj, egoismo intensegigita per la malfacileco kaj danĝeroj de marvojaĝo, frapite ankaŭ de la malpura stato, en kiu devis vivi la ferdekaj vojaĝantoj, Li volis evitigi al la homoj la okazojn por lasi kuri siajn malbonajn instinktojn kaj malmilde trakti unu la alian. Oni scias, ke la Apostolo difinite admonas ĝentilecon, plej delikatan respekton en sociaj interrilatoj: »Ne malĝojigu iun ajn pro ia ajn kialo.« Kaj dum ĉi tiu vojaĝo Li havis la eblon konstati la homan malbonvolon kaj la homan kruelecon, kiam oni trovas sin kontraŭ malfacilaj cirkonstancoj: »Ĉar la plej malfeliĉa afero, kiun Mi vidis dum Mia pilgrimado al Mekko, estis la senĉesaj disputoj de la pilgrimantoj inter si, disputoj, kiuj forigis de ili la moralan profiton de sia pilgrimado.« (Bayán, 4:16). Li do alvenis al Muskat, kie Li ripozis kelkajn tagojn, dum kiuj Li penis konverti la loĝantaron - sen sukceso. Li turnis sin al unu el ili, verŝajne piulo kaj altrangulo, kies konvertiĝo estus povinta kuntreni tiujn de siaj samurbanoj; almenaŭ mi supozas tion, ĉar Li donas al ni nenian detalon pri la afero; Li ŝajne ne penis konverti la unuan veninton, kiu havus nenian influon sur la aliajn urbanojn. Ke li provis konverton kaj ne sukcesis, tio estas neprideskutebla, ĉar Li mem certigas tion: »La mencio pri Dio, vere, malsupreniris sur la landon Muskat kaj transsendis la ordonon de Dio al unu el la loĝantoj. Povus esti, ke li komprenis Niajn paragrafetojn kaj fariĝis unu el tiuj, kiuj estas gvidataj. Diru: Ĉi tiu viro subiĝis al sia pasio post legado de Niaj paragrafetoj. Kaj vere, ĉi tiu viro, laŭ la ordono de la Libro, estas alkalkulita al la pekantoj. Diru: Ni ne vidis en Muskat homojn de la Lobro, kiuj estus helpintaj lin, ĉar ili estas perditaj nesciantoj. Kaj estis same pri ĉiuj, kiuj troviĝis sur la ŝipo, krom unu inter ili, kiu kredis je Niaj paragrafetoj kaj fariĝis unu el tiuj, kiuj timas Dion.«" („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb," p.207-8, de A.L.M. Nicolas.)

*furiozo de la elementoj nek la tumulto de la homoj ĉirkaŭ ili povis aŭ malkvietigi la trankvilecon de ilia vizaĝesprimo aŭ deturni ilin de ilia celo."*

Báb mem, en la persa Bayán,[131] aludas al la malfacileco de tiu vojaĝo *"Dum tagoj,"* Li skribis, *„ni suferis pro manko de akvo. Mi devis kontentiĝi per suko de dolĉaj citronoj."* Pro ĉi tiu travivaĵo Li petegis la Ĉiopovan, ke Li permesu, ke la rimedoj de marvojaĝado estu rapide plibonigitaj, ke ĝia malfacileco estu malpliigita kaj ĝiaj danĝeroj tute malaperigitaj. Post mallonge, de la tempe de tiu preĝo, multobliĝis la signoj de rimarkinda pliboniĝo en ĉiuj fakoj de martransportado, kaj la Persa Golfo, kiu en tiuj tagoj apenaŭ posedis unuopan vaporŝipon, nun fieras pri aro da oceanŝipoj, kiuj, dum la daŭro de kelkaj tagoj kaj kun pleja komforto, povas transporti la loĝantojn de Fárs dum ilia ĉiujara pilgrimado al Ḥijáz.

La popoloj de la okcidento, inter kiuj aperis la unuaj signoj de ĉi tiu granda Industria Revolucio, ankoraŭ ne seias, ho ve, la Fonton, el kiu venas ĉi tiu potenca fluo, ĉi tiu granda mova forto – forto, kiu revoluciigis ĉiun fazon en ilia materia vivo. Ilia propra historio atestas la fakton, ke en la jaro, kiu vidis la tagiĝon de ĉi tiu glora Revelacio, subite aperis signoj de industria kaj ekonomia revolucio, kiun la homoj mem deklaras senekzempla en la historio de la homaro. En sia zorgo pri la detaloj de la funkciado kaj alĝustigo de ĉi tiu novekreita maŝinaro, ili iom post iom preterlasis la Fonton kaj celon de ĉi tiu grandega potenco, kiun la Ĉiopova alkonfidis al ili. Ŝajnas, ke ili tute malbonuzis kaj malkomprenis ĝian funkcion. Kreita por doni al la okcidentanoj la benojn de paco kaj feliĉo, ĝi estas uzata de ili por antaŭenigi pereigon kaj militon.

Alveninte en Jaddihon, Báb surmetis kostumon de pilgrimanto, surseliĝis sur kamelon kaj ekvojaĝis al Mekko. Tamen, Quddús, malgraŭ la ofte esprimita deziro de sia Majstro, preferis akompani Lin surpiede la tutan vojon el Jaddih ĝis tiu sankta urbo. Tenante en la mano la bridon de la kamelo, sur kiu Báb estis rajdanta, li piediradis ĝoje kaj preĝeme, plenumante la bezonojn de sia Majstro, tute indiferenta pri laciĝo pro sia peniga marŝado. Ĉiunokte, de vespero ĝis tagiĝo, Quddús, oferante komforton kaj dormon, daŭre gardis kun senripoza atento apud sia Amato, preta plenumi Liajn bezonojn kaj certigi remedojn por Lia protektado kaj sendanĝereco.

Unu tagon, kiam Báb elseliĝis proksime al puto por matenpreĝi, vaganta bedueno subite aperis ĉe la horizonto, alproksimiĝis al Li, kaj, ekprenante la selsakon, kiu estis kuŝanta sur la tero apud Li, kaj kiu enhavis Liajn verkojn kaj paperojn, malaperis en la nekonatan dezerton. Lia etiopa servanto ekpostkuris lin, sed lin malebligis lia Majsto, kiu preĝante signis al li per la mano, ke li ĉesu sian postkuron. *„Se Mi estus permesinta vin,"* Báb poste korinkline certigis al li, *„vi certe estus kuratinginta kaj puninta lin. Sed tio ne estu. La paperoj kaj verkoj, kiujn tiu sako enhavas, estas destinitaj atingi, pere de ĉi tiu arabo, tiajn lokojn, kiujn ni neniam sikcesus atingi. Ne malĝoju do pri la ago, ĉar tio estis dekretita de Dio, la Ordonanto, la Ĉiopova."* Multfoje poste Báb en similaj okazoj penis konsoli siajn amikojn per tiaj meditadoj. Per tiaj vortoj Li ŝanĝis la amarecon de bedaŭro kaj kontraŭsento en radiantan akceptemon rilate al la Dia celo kaj en ĝojan subiĝon al la volo de Dio.

En la tago `Arafát,[132] Báb, en la kvieta izoleco de sia ĉambreto, dediĉis sian tutan tempon al meditado kaj adorado. La dekvintan tagon, la tago Nahr, post kiam Li preĝis la festotagan preĝon, Li iris al Muná, kie, laŭ antikva moro, Li aĉetis deknaŭ ŝafidojn la plej bone breditajn, el kiuj Li oferbuĉis naŭ en sia propra nomo, sep en la nomo de Quddús, kaj tri en la nomo de sia etiopa servanto. Li rifuzis partopreni la viandon de ĉi tiu konsekrita oferbuĉo, anstataŭe preferante disdoni ĝin libere inter la malriĉaj kaj necesbezonaj loĝantoj de tiu ĉirkaŭaĵo.

Kvankam la monato Dhi'l-ḥijih, la monato de pilgrimado al Mekko kaj Medino, koincidis en tiu jaro kun la unua monato de la vintra sezono, tamen tiel ega estis la varmo en tiu regiono, ke la pilgrimantoj, kiuj rondiris la sanktejon, ne povis plenumi tiun riton en siaj kutimaj vestoj. Robitaj en maldika, malstrikta tuniko, ili kuniĝis en la solenigo de la festo. Tamen, Báb, kiel signo de respekto, rifuzis forĵeti aŭ sian turbanon aŭ sian mantelon. Vestita kiel kutime, kun plejaj digno kaj trankvileco, kaj kun egaj simpleco kaj respekto, Li ĉirkaŭis la Ka'bihon kaj plenumis ĉiujn ordonitajn ritojn de adorado.

La lastan tagon de sia pilgrimado al Mekko, Báb renkontis Mírzá Muḥít-i-Kirmáníon. Li estis staranta fronte al la Nigra Ŝtono, kiam Báb alproksimiĝis al li, kaj, tenante lian manon en la sia, alparolis lin en la jenaj vortoj: *„Ho Muḥít! Vi konsideras vin kiel unu el la plej elstarantaj personoj de la shaykha komunumo kaj eminenta klariganto de ĝiaj instruoj. En via koro vi eĉ pretendas esti unu el la rektaj posteuloj kaj laŭrajtaj heredantoj de tiuj duopaj grandaj Lumoj, tiuj Steloj, kiuj proklamis la matenon de Dia gvidado. Jen, ni staras ambaŭ en ĉi tiu plej sankta loko. Interne de ĝiaj sanktigitaj limoj, Tiu, kies Spirito liĝadas en ĉi tiu sanktejo, povas tuj konigi kaj diferencigi la Veron de malvero, kaj justecon de maljusteco. Vere Mi deklaras, en ĉi tiu tago neniu krom Mi, ĉu oriente aŭ okcidente, povas pretendi esti la Pordo, kiu kondukas la homaron al ekkono pri Dio. Mia pruvo estas nenio alia, ol tiu pruvo, per kiu estis certigita la*

[131] „Tiamaniere Mi mem vidis, survoje al Mekko, unu personon, kiu elspezis grandajn monsumojn, se hezitis provizi glason da akvo al sia kunvojaăanto, kiu loăis kun li. Tio okazis sur la ěipo, kajla akvo tie estis tiel malsufiőa, ke, kum la vojaăo de Búšľihr al Muskat, kiu daůris dekdu tagojn, dum kiu tempo ni ne povis havigi al ni alvon, Mi mem devis kontentiăi per dolőaj citronoj." („La Persa Bayán," vol.2, p.154.) „Oni povas nenion prezenti al si sur la maro, krom malkomforto. Oni ne povas havi tie őiujn necesaŕojn, kiel dum tera vojaăo... La maristoj estas ja devigataj (vivi tie), sed pro siaj faroj ili pliproksimiăas al Dio, kaj Dio rekompencas bonajn farojn tiel sur la tero kail sur la maro, sed Li duobligas la rekompencojn por tiuj faroj plenumitaj de iu el siaj sklavoj sur la maro, pro tio, ke ői ties laboro estas pli malfacila." (Ibid. Pp.155-6.) „Mi vidis tie (survoje al Mekko) agojn pli malnoblajn, ol iu ajn ago antaů la okuloj de Dio, kaj pro kiuj la bona ago, kiun oni estis faranta, (pilgrimado) estis vana. Okazis disputoj inter pilgrimantoj! Őiamaniere tiaj disputoj estas interdiktaj... Vere la domo de Dio ne bezonas tiajn homojn por veni rondiri őirkaů ăi!" (Ibid., p.155.)

[132] La tago antaů la festo.

*vereco de la Profeto mahometo. Demnadu kion ajn vi deziras; nun, eĉ en ĉi tiu mumento, Mi promesas revelacii tiajn versojn, kiuj povas pruvi la verecon de Mia misio. Vi devas elekti aŭ subiĝi malkaŝe al Mia Afero aŭ entute malkonfesi ĝin. Vi havas nenian alternativon. Se vi elektos malakcepti Mian revelacion, Mi ne delasos vian manon ĝis vi promesos deklari publike vian malkonfeson de la Vero, kiun Mi priklamis. Tiamaniere iĝos konata Tiu, kiu parolas la Veron, kaj tiu, kiu parolas malvere, estos kondamnita al eternaj malfeliĉego kaj malhonoro. Tiam la vojo de Vero estos revelaciita kaj malkaŝita al ĉiuj homoj."*

Ĉi tiu ordonema voko, tiel neatendite trudita de Báb sur Mírzá Muḥít-i-Kirmánímon, profunde maltrankviligis lin. Li estis subigita per ĝia potenco, ĝiaj devigaj majesteco kaj forto. En la ĉeesto de tiu Junulo, malgraŭ sia maljuneco, siaj aŭtoritato kaj klereco, li sentis sin kiel malforta birdo malliberigita en tenado de potenca aglo. Konfuzita kaj timoplena, li respondis: *„Mia Sinjoro, mia Majstro! De la tago, kiam miaj okuloj ekvidis Vin en Karbilá, mi sentas, ke fine mi trovis kaj ekkonis Tiun, kiu estis la celo de mia serĉado. Mi malkonfesas tiun, kiu ajn neas Vin, kaj mi malestimas tiun, en kies koro ankoraŭ restas eĉ la plej etaj duboj pri Viaj purkoreco kaj sankteco. Mi petas Vin pardoni mian malfortecon, kaj mi petegas Vian respondon al mia embaraso. Plaĉu al Dio, ke eĉ en ĉi tiu loko, interne de la limoj de ĉi tiu sanktigejo, mi ĵuru al Vi mian fidelecon kaj leviĝu por la triumfo de Via Afero. Se mi estus malsincera pri tio, kion mi deklaras, se en mia koro mi malkredus tion, kion miaj lipoj priklamas, mi opinius min tute malinda je la korfavoro de la Profeto de Dio, kaj mi konsiderus mian agon kiel agon de evidenta mallojaleco al `Alí, Lia elektita posteulo."*

Báb, kiu atente aŭskultis liajn vortoj, kaj kiu bone sciis liajn malfortecon kaj animomalriĉecon, respondis kaj diris: *„Vere Mi diras, la Vero eĉ nun estas konata kaj diferencigata de malvero. Ho sanktejo de la Profeto de Dio, kaj vi, ho Quddús, kiu kredas je Mi! En ĉi tiu horo Mi elektas ambaŭ vin kiel Miajn atestantojn. Vi vidis kaj aŭdis tion, kio okazis inter Mi kaj li. Mi alvokas vin por atersti tion, kaj super vi Dio estas vere Mia certa kaj definitiva atestanto. Li estas la Ĉionvidanta, la ĉionscianta, la ĉielsaĝa. Ho Muḥít! Prezentu tion, kio embarasas vian spiriton, kaj per la helpo de Dio Mi malligos Mian langon kaj entreprenos solvi viajn problemojn, por ke vi atestu la superecon de Mia eldiro kaj konstatu, ke neniu krom Mi povas malkaŝi Mian saĝecon."*

Mírzá Muḥít respondis al la invito de Báb kaj prezentis al Li siajn demandojn. Preterkstante la neceson de tuja foriro al Medino, li esprimis esperon ricevi, antaŭ sia foriro el tiu urbo, la tekston de la promesita respondo. *„Mi plenumos vian peton,"* Báb certigis lin. *„Survoje al Medino, per la helpo de Dio, Mi revelacios Mian respondon al viaj demandoj. Se Mi ne renkontos vin en tiu urbo, Mia respondo certe atingos vin tuj post via alveno al Karbilá. Kion ajn justeco kaj honsteco ordonos, tion Mi atendos, ke vi plenumu. »Se vi bone faros, por via propra bonstato vi bone faros: kaj se vi malbonon faros, kontraŭ vin mem vi faros tion.« »Dio estas vere sendependa de ĉiuj siaj kreitaĵoj.«"*[133]

Antaŭ sia foriro, Mírzá Muḥít denove esprimis sian certan decidon plenumi sian solenan promeson. *„Kio ajn okazos, mi neniam foriros le Medino,"* li certigis Bábon, *„ĝis mi estos plenuminta mian interkonsenton kun Vi."* Senpova rezisti la vastan majestecon de la Revelacio proklamita de Báb, li pro teruro forkuris de antaŭ Lia vizaĝo, kiel polvero pelata antaŭ ventego. Li restis tempospacon en Medina, kaj, malplenumante sian promeson kaj ignorante la admonojn de sia konscienco, li foriris al Karbilá.

Báb, plenumante sian promeson, revelaciis survoje el Mekko al Medino sian skribitan respondon al la demandoj, kiuj konfuzis la spiriton de Mírzá Muiḥít, kaj Li titolis ĝin ṣaḥífiy-i-Bayn'l-ḥaramayn.[134] Mírzá Muḥít, kiu ricevis ĝin en la fruaj tagoj de sia alveno en Karbiláon, restis nekortuŝita de ĝia stilo kaj rifuzis akcepti la ordonojn, kiujn ĝi admoninstruis. Lia sintenado al la Kredo estis de kaŝita kaj daŭrema kontraŭstaro. Kelkafoje li deklaris sin sekvanto kaj subtenanto de tiu malbonfama kontraŭulo de Báb, ḥájí Mírzá Karím Khán, kaj iafoje li pretendis por si postenon de sendependa ĉefo. Atinginte siajn lastajn tagojn, kiam li estis loĝanta en `Iráq, pretekstante submetiĝon al Bahá'u'lláh, pere de unu el la persaj princoj, kiuj loĝadis en Baghdád, li esprimis deziron renkonti Lin. Li petis, ke lia proponita intervjuo estu konsiderata tute konfidenca. *„Diru al li,"* estis la respondo de Bahá'u'lláh, *„ke, dum la tagoj de Mia soleco inter la montoj de Sulaymáníyyih, en certa odo, kiun Mi verkis, Mi klarigis la esencajn ecojn de ĉiu vojiranto, kiu iras sur la vojo de serĉado por serĉi la Verion. Konfidu al li tiun ĉi verson el tiu odo: »Se via celo estas konservi vian vivon, ne alproksimiĝu al nia kortego; sed se oferado estas via kordeziro, venu, kaj aliaj venu kun vi. Ĉar tia estas la vojo de Kredo, se en via koro vi deziregas reuniĝon kun Bahá; se vi rifuzus iri sur ĉi tiu vojo, pro kio ĝeni nin? For!« Se li volas, li nekaŝeme kaj malkaŝe repidos renkonti Min; se ne, Mi rifuzos vidi lin."* La senduba respondo de Bahá'u'lláh maltrankviligis Mírzá Muḥíton. Senpova rezisti kaj nevolante cedi, li foriris al sia hejmo en Karbilá en la sama tago, en kiu li ricevis tiun komunikon. Tuj kiam li alvenis li malsaniĝis, kaj post tri tagoj li mortis.

Tuj kiam Báb plenumis ĉiujn ritojn rilate al sia pilgrimado al Mekko, li skribis epistolon al la Sherif de tiu sankta urbo, en kiu Li prezentis, en klara kaj certa maniero, la distingilojn de sia misio, kaj alvokis lin leviĝi kaj akcepti Lian Aferon. Tiun ĉi epistolon, kune kun elektaĵoj el siaj aliaj verkoj, Li transdonis al Quddús kaj ordonis, ke li prezentu ilin al la Sherif. Tamen ĉi tiu, tro enprofundiĝinta en sia propra okupado, por ke li aŭskultu la vortojn skribitajn al li de Báb, ne respondis al la alvoko de la Dia Revelacio. Oni aŭdis ḥájí Níyáz-i-Baghdádíon rakonti la jenon: *„En la jaro 1267 p.H.,*[135] *mi entreprenis pilgrimadon al tiu sankta urbo, kie estis mia privilegio konatiĝi kun la Sherif. Dum konversacio*

---

[133] Versoj el la Korano.

[134] „La Epistolo inter la Du Sanktejoj."

[135] 1850-51 p.Kr.

*kun mi li diris: »Mi memoras, ke en la jaro ’60, dum la sezono de pilgrimado, junulo venis viziti min. Li donis al mi sigelitan libron, kiun mi volonte akceptis, sed en tiu tempo mi estis tro okupata por legi. Post kelkaj tagoj mi denove renkontis tiun saman junulon, kiu demandis min, ĉu mi havas ian respondon al lia propono. Urĝeco de laboro denove detenis min de pripensi la enhavon de tiu libro. Mi do ne povis doni al li kontentigan respondon. Unu tagon, kiam la sezono de pilgrimado finiĝis, dum mi estis bonordiganta miajn leterojn, miaj okuloj hazarde vidis tium libron. Mi malfermis ĝin kaj trovis en ĝia antaŭparolo kortuŝan kaj ĉarmeskribitan prediketon sekvatan de versoj, kies stilo kaj skribmaniero surprize similis al la Korano. Ĉio, kion mi lernis per tralego de la libro estas, ke inter la persoj, viro el la posteularo de Fáṭimih kaj ido de la familio Háshim aŭdigis novan alvokon kaj anoncis al ĉiuj homoj la ekaperon de la promesita Qá’im. Tamen, mi ne eklernis la nomon de la verkinto de tiu libro, nek mi informiĝis pri la cirkonstancoj rilate al tiu alvoko.« »Granda tumulto,« mi diris, »ja ekkaptis tiun landon dum la pasintaj kelkaj jaroj. Junulo, ido de la Profeto kaj komercisto profesie, pretendas, ke Lia eldiro estas la Voĉo de la Dia inspirado. Li pretendis publike, ke en la daŭro de kelkaj tagoj povus flui el Lia lango versoj tiel grandnombraj kaj tiel bonegaj, ke en amplekso kaj beleco ili superus eĉ la Koranon – verko, kiu postulis de Mahometo ne malpli, ol dudek tri jarojn por revelacii ĝin. Amaso da homoj inter la loĝantaro de Persujo, kaj altaj kaj malaltaj, civilaj kaj ekleziaj, kolektiĝis ĉirkaŭ Lia standardo kaj volonte oferis sin sur Lia vojo. Dum la pasinta jaro, en la lastaj tagoj de la monato Sha`bán,[136] tiu Junulo suferis martirecon en Tabríz, en la provinco Adhirbáyján. Tiuj, kiuj persekutis Lin, penis tiamaniere estingi la lumon, kiun Li ekbruligis en tiu lando. Tamen, de post Lia martiriĝo, Lia influo trapenetris ĉiujn klasojn de homoj.« la Sherif, kiu aŭskultis atente, esprimis indignon pri la konduto de tiuj, kiuj persekutis Bábon. »La malbeno de Dio estu sur tiu malbona popolo,« li ekkriis, »popolo, kiu en pasintaj tagoj traktis sammaniere niajn sanktajnkaj eminentajn prapatrojn.« Per tiuj vortoj la Sherif finis sian konversacion kun mi.”*

El Mekko Báb iris al Medino. Estis la unua tago de la monato Muḥarram, en la jaro 1261 p.H., [137] kiam Li trovis sin survoje al tiu sankta urbo. Alproksimiĝante al ĝi, Li rememoris la ekscitajn okazintaĵojn, kiuj eternigis la nomon de Tiu, kiu vivis kaj mortis interne de ĝiaj limoj. Tiuj okazintaĵoj, kiuj elokvente atestis la krean povon de tiu senmorta Geniulo, kun nemalpliigita brileco ŝajnis esti reludataj antaŭ Liaj okuloj. Li preĝis dum Li alproksimiĝis al tiu sankta timbo, kiu ameme konservas la restaĝon de la Profeto de Dio. Li ankaŭ memoris, dum Li paŝis sur tiu sankta tero, tiun brilantan heroldon de sia propra Spiritordo. Li sciis, ke en la tombejo de Baqí`, en loko ne malproksima de la sanktejo de Mahometo, estis enterigita la antaŭiranto de Lia propra Revelacio, Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá’í, kiu, post vivo de peniga servado, decidis pasigi siajn lastajn tagojn interne de la limoj de tiu sanktejo. Ankaŭ venis al Li vizio de tiuj sanktuloj, tiuj pioniroj kaj martiroj de la kredo, kiuj glore mortis sur la batalkampo, kaj kiuj certigis per sia vivosango la triumfon de la Afero de Dio. Ilia sankta polvo ŝajnis esti kvazaŭ revivigita per la facila paŝado de Liaj piedoj. Iliaj spiritoj ŝajnis esti vivigitaj per la reviviga spiro de Lia ĉeesto. Ŝajnis al Li kvazaŭ ili leviĝis ĉe Lia alproksimiĝo, kvazaŭ ili rapidas al Li kaj esprimas bonvenon. Ili ŝajnis fari al Li la jenan fervoran petegon: *„Ne iru al Via patrujo, ni petegas Vin, ho Vi Amato de niaj koroj! Restadu inter ni, ĉar ĉi tie, malproksime de la tumulto de Viaj malamikoj, kiuj embuskas Vin, Vi estos sendanĝera kaj sekura. Ni trozorgas pri Vi. Ni timegas la konspirojn kaj intrigojn de Viaj malamikoj. Ni tremas je la penso, ke iliaj faroj povos alporti eternan malbenon al iliaj animoj.” „Ne timu,”* respondis la nesubigebla spirito de Báb: *„Mi venis en tiun ĉi mondon por atesti la gloron de oferado. Vi scias la profundecon de Mia sopiro; vi komprenas la gradon de Mia abnegacio. Ne, petegu la Sinjoron vian Dion, ke Li rapidigu la horon de Mia martiriĝo, kaj ke Li akceptu Mian oferadon. Ĝoju, ĉar mi kaj Quddús estos mortigitaj sur la altaro de nia sindono al la Reĝo de Gloro. La sango, kiun laŭdestine ni verŝos sur Lia vojo, akvumos kaj revivigos la ĝardenon de nia eterna feliĉeco. La gutoj de ĉi tiu konsekrita sango estos la semo, el kiu leviĝos la potenca Arbo de Dio, la Arbo, kiu kunigos sub ĝia ĉionentena ombro la popolojn kaj gentojn de la tero. Ne malĝoju do se Mi foriros el ĉi tiu lando, ĉar Mi rapidas plenumi Mian destinon.”*

## *Ĉapitro VIII*
## *La restado de Báb en Shíráz post la Pilgrimado*

La vizito de Báb ĉe medino signis la finan etapon de Lia pilgrimado al Ḥijáz. El tie Li reiris al Jaddih kaj voje de la maro atingis sian patrujon. Li elŝipiĝis ĉe Búshihr naŭ lunajn monatojn post kiam Li estis entrepreninta sian pilgrimadon el tiu haveno. En la sama khán[138], kiun Li antaŭe okupis, Li akceptis siajn amikojn kaj parencojn, kiuj venis saluti kaj bonvenigi Lin. Estante ankoraŭ en bushihr, Li alvokis Quddúson al si kaj plej bonkore ordonis lin, ke li foriru al Shíráz. *„La tagoj de via kuneco kun Mi,”* Li diris al li, *„estas finiĝontaj. La horo de disiĝo sonoris, disiĝo, kiun nenia reunuiĝo sekvos krom en la Regno de Dio, en la ĉeesto de la Reĝo de Gloro. En ĉi tiu polva mondo, ne pli ol naŭ nedaŭraj monatoj de kunesto kun mi estis difinitaj al vi. Tamen, ĉe la bordo de la Granda Spiritujo, en la regno de senmorteco, la ĝojo de eterna reuniĝo atendas nin. La mano de destino antaŭ nelonge enigos vin en oceanon de afliktado pro Li. Mi ankaŭ sekvos vin; Mi ankaŭ estos trempita en ĝiajn profundaĝojn. Ĝojegu pro tio, ke vi estas elektita kiel la standardisto de la arego de afliktotoj kaj staras en la antaŭgvardio de la nobla armeo, kiu suferos*

[136] Julio, 1850 p.Kr.

[137] Vendrede, 10. Januaro, 1845; p.Kr.

[138] Simila al karavana loĝejo.

*martiriĝon en Lia nomo. En la stratoj de Shíráz oni superŝutos vin per indignindaĵoj, kaj la plej dolorigaj vundoj afliktos vian korpon. Vi travivos la malhonoran konduton de viaj malamikoj kaj atingos la ĉeeston de Tiu, kiu estas la sola celo de niaj adorado kaj amo. En Lia ĉeesto vi forgesos ĉiujn malutilojn kaj mahonorojn, kiuj estos okazintaj al vi. La aregoj de la Nevidato rapidos por helpi vin kaj prokalmos al la tuta mondo viajn heroecon kaj gloron. Al vi estos la neesprimebla ĝojo, ke vi trinkegos la kalikon de martiriĝo pro Li. Mi ankaŭ iros sur la vojo de oferado kaj kuniĝos kun vi en la regno de eterneco."* Báb tiam transdonis al li leteron, kiun Li skribis al ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, Lia patrinflanka onklo, en kiu Li informis lin pri sia sendanĝera reveno al Búshihr. Li ankaŭ alkonfidis al li ekzempleron de la Khaṣá'il-i-Sab`ih[139], traktaĵo, en kiu Li klarigis la esencajn postulaĵojn de tiuj, kiuj atingis la scion pri la nova Revelacio kaj ekkonis ĝian pretendon. Esprimante sian lastan adiaŭon al Quddús, Li petis lin transdoni Liajn salutojn al ĉiu el Liaj amatoj en Shíráz.

Quddús eliris el Búshihr kun sento de neskuebla decido plenumi la eldiritajn dezirojn de sia majstro. Alveninte al Shíraáz, li estis korinkline bonvenigita de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, kiu akceptis lin en sia propra domo kaj avide demandis pri la sano kaj faroj de sia amata Parenco. Trovante lin impresiĝema pri la alvoko de la nova Revelacio, Quddús konigis al li la karakteron de la Revelacio, per kiu tiu junulo jam flamigis lian animon. Kiel rezulto de la penadoj de Quddús, la patrinflanka onklo de Báb estis la unua, post la Literoj de la Vivanto, kiu akceptis la Aferon en Shíráz. Ĉar la plena graveco de la ĵusnaskita Kredo restis ankoraŭ nemalsekretigita, li ne sciis la plenan vastecon de ĝiaj implikoj kaj gloro. Tamen, lia konversacio kun Quddús, forigis la vualon de antaŭ liaj okuloj. Tiel firmiĝis lia kredo, kaj tiel profundiĝis lia amo por Báb, ke li konsekris sian tutan vivon al Lia servado. Kun senripoza atentego li leviĝis por defendi Lian Aferon kaj protekti Lian personaĵon. En siaj daŭraj penoj li ignoris laciĝon kaj malestimis morton. Kvankam li estis konata kiel elstaranto inter la komercistoj de tiu urbo, li neniam permesis, ke materiaj motivoj interrompu lian spiritan respondecon protekti la personaĵon kaj antaŭenigi la Aferon de sia amata Parenco. Li persistis en sia tasko ĝis la horo, kiam, kuniĝinte kun la aro de la Sep martiroj de ṭihrán, en cironstancoj de ega heroeco li fordonis la vivon pro Li.

La sekvinta persono, kun kiu Quddús konatiĝis en Shíráz, estis Ismu'lláhu'l-Asdaq, Mullá ṣádiq-i-Khurásání, al kiu li alkonfidis la ekzempleron de la Khaṣá'il-i-Sab`ih, kaj emfazis la neceson por tuja efektivigo de ĉiuj ĝiaj kondiĉoj. Inter ĝiaj ordonoj estis emfaza admono de Báb al ĉiu lojala kredanto, ke li aldiru la jenajn vortojn al la tradicia formulo de la adhán:[140] *„Mi atestas, ke Tiu, kies nomo estas `Alí-Qabl-i-Muḥammad,[141] estas la servanto de la Baqíyyatu'lláh[142]."* Mullá ṣádiq, kiu en tiuj tagoj estis laŭdanta el la predikejoj antaŭ grandaj aŭdantaroj la virtecon de la imámoj de la Kredo, tiel raviĝis pri la temo kaj lingvaĵo de tiu traktaĵo, ke li senhezite decidis plenumi ĉiujn regulojn, kiujn ĝi ordonis. Unu tagon, gvidante sian kongregacion dum preĝo en la Masjid-i-Naw, pelita de la instiga forto enestanta en tiu Tabuleto, li subite proklamis, dum li estis sonanta la adhánon, la aldonajn vortojn ordonitajn de Báb. La popolamaso, kiu aŭdis lin, miregis pri lia elkrio. Konfuzo kaj konsterno ekkaptis la tutan kongregacion. La eminentaj eeologoj, kiun okupis la antaŭajn sidejojn, kaj kiujn oni multe respektegis pro ilia pia ortodokseco, bruegadis, laŭte protestante: *„Ve al ni, gardantoj kaj protektantoj de la Kredo de Dio! Jen, ĉi tiu viro suprenlevis la standardon de herezo. Forigu tiun ĉi malbonegan peerfidulon! Li blasfemis. Arestu lin, ĉar li malhonoras nian Kredon." „Kiu,"* ili kolere ekkriis, *„kuraĝis rajtigi tiel gravan deflankiĝon de la akceptitaj ordonoj de Islámo? Kiu tromemfidis arogi al si tiun ĉi superan prerogativon?"*

La popolamaso reeĥis la protestadojn de ĉi tiuj teologoj kaj leviĝis por plifortigi ilian bruegadon. La tuta urbo ekscitiĝis, kaj kiel rezulto la publika bonordo estis minacata. La guberniestro de la provinco Fárs, ḥusayn Khán-i-Íravání, alnomita Ájúdán-Báshí, kaj ĝenerale konata, en tiuj tagoj, kiel ṣáḥib-Ikhtíyár,[143] trovis necese interveni kaj esplori la kaŭzon de ĉi tiu subita tumulto. Li informiĝis, ke disĉiplo de juna viro nomita Siyyid-i-Báb, kiu ĵus venis de sia pilgrimado al Mekko kaj Medino kaj nun loĝas en Búshihr, alvenis en Shírázon kaj propagandas la instruojn de sia Majstro. *„Ĉi tiu disĉiplo,"* oni sciigis al ḥusayn Khán, *„pretendas, ke Lia instruanto estas aŭtoro de nova revelacio kaj revelaciinto de libro, kiun li pretendas esti direvelaciita. Mullá ṣádiq-i-Khurásání akceptis tiun kredon kaj sentime alvokas la popolamason al la akcepto de tiu revelacio. Li deklaras, ke ĝia ekkono estas la unua devo de ĉiu lojala kaj pia sekvanto de ŝiana Islámo."*

ḥusayn Khán ordonis la areston de Quddús kaj Mullá ṣádiq. La policaj aŭtoritatuloj, al kiuj oni kondukis ilin, estis ordonitaj konduki ilin fermanumitajn al la guberniestro. La policaro ankaŭ transdonis al ḥusayn Khán la ekzempleron de la Qayyúmu'l-Asmá', kiun ili ekprenis de Mullá ṣádiq dum li estis laŭte leganta ĝian tekston al ekscitita kongregacio. Quddús, pro liaj junula aspekto kaj nekutimaj vestoj, estis unue ignorata de ḥusayn Khán, kiu preferis paroli al lia pli digna kaj maljuneta kunulo. *„Diru al mi,"* kolere demandis la guberniestro, turnante sin al Mullá ṣádiq, *„ĉu vi scias pri la malfermaj frazoj de la Qayyúmu'l-Asmá', kie Siyyid-i-Báb alparolas la regantojn kaj reĝojn de la tero en la jenaj vortoj: »Senvestigu vin de la robo de reĝeco, ĉar Tiu, kiu vere estas la Reĝo, estas malkaŝita. La Reĝeco*

---

[139] Laŭlitere, „La Sep postulaŕoj."

[140] Vidu la Glosaron.

[141] Aludo al la nomo de Báb.

[142] Alludo al Bahá'u'lláh. Vidu la Glosaron.

[143] Laŭ la „Táríñ̌-i-Jadíd" (p.204), li estis ankaŭ nomita „Nizámu'd-Dawlih".

*apartenas al Dio, la Plej Laŭdegata. Tiel dekretis la Plumo de la Plej Alta!« Se tio ĉi estas vera, ĝi ankaŭ devus rilati al mia suvereno, ŝaho Muḥammad, de la dinastio Qájár,*[144] *kiun mi reprezentas kiel la ĉefa magistrano en ĉi tiu provinco. Laŭ ĉi tiu ordono, ĉu ŝaho Muḥammad devus forlasi sian kronon kaj cedi sian reĝecon? Ĉu mi ankaŭ abdiku mian rajton kaj forlasu mian postenon?"* Mullá Ṣádiq senhezite respondis: *„Kiam la vereco de la Revelacio anoncita de la Aŭtoro de ĉi tiuj vortoj jam estos difinite pruvita, la vereco de tio, kio ajn aŭdiĝis de Liaj lipoj ankaŭ estos pravigita. Se ĉi tiuj vortoj estas la Vorto de Dio, la abdiko de ŝaho Muḥammad kaj liaj kunuloj malmulte gravus. Ĝi neniel deflankigus la Dian celon nek ŝanĝus la reĝecon de la ĉiopova kaj eterna Reĝo."*[145]

Tiu kruela kaj malpia reganto tute koleris pri tia respondo. Li insultis kaj malbenis lin, ordonis al siaj deĵorantoj, ke ili senvestigu kaj skurĝu lin per mil batoj. Li tiam ordonis, ke la barboj de Quddús kaj Mullá Ṣádiq estu bruligitaj, iliaj nazoj traboritaj, ke ŝnuro estu trametita tra ĉi tiu entranĉo, kaj ke pere de ĉi tiu ŝnuro ili estu kondukataj tra la stratoj de la urbo.[146] *„Tio estos instruleciono al la loĝantoj de Shíráz,"* ḥusayn Khán deklaris, *„kiu scios, kio estos la puno pro herezo."* Oni aŭdis Mullá Ṣádiqon, kvieta kaj trankvila kaj kun al la cielo levitaj okuloj, reciti la jenan preĝon: *„Ho Sinjoro, nia Dio! Ni ja aŭdis la voĉon de Iu, kiu vokis. Li vokis nin al la Kredo – »Kredu je la Sinjoro via Dio!« – kaj ni kredis. Ho Dio, nia Dio! Pardonu do niajn pekojn, kaj kaŝu de ni niajn malbonfarojn, kaj igu, ke ni mortu kun la piaj."*[147] Kun glora suferkapablo ambaŭ rezignis sin al sia sorto. Tiuj, kiuj estis ordonitaj suferigi tiun ĉi kruelan punon, plenumis sian taskon volonte kaj forte. Neniu intervenis pro ĉi tiuj suferantoj, neniu emis pledi por ilia afero. Baldaŭ poste, ili estis ambaŭ elpelitaj el Shíráz. Antaŭ ilia elpelo, oni avertis ilin, ke, se iam ili provos reveni al ĉi tiu urbo, ambaŭ ili estos krucumitaj. Pro siaj suferadoj ili gajnis la eternan honoron, ke ili estis la unuaj persekutatoj en persujo pro sia Kredo. Mullá `Alíy-i-Basṭámí, kvankam li estis la unua viktimo de la senkompata malamo de la malamiko, tamen elsuferis sian persekuton en `Iráq, kiu kuŝas ekster la limoj de Persujo. Kaj liaj suferadoj, egaj kiel ili estis, ne komparis sin kun la terurego kaj barbara krueleco, kiuj karakterizis la turmentego suferigitan sur Quddúson kaj Mullá Ṣádiqon. Atestanto de ĉi tiu naŭzega epizodo, nekredanto loĝanta en Shíráz, rakontis al mi la jenon: *„Mi ĉeestis, kiam oni estis skurĝanta Mullá Ṣádiqon. Mi observis, kiel ĉiu el liaj persekutantoj laŭvice metis la skurĝilon sur liajn sangadajn ŝultrojn kaj batadis ĝis laciĝo. Neniu kredis, ke Mullá Ṣádiq, tiel aĝa kaj korpe malforta, povus efektive travivi kvindek tiel kruelajn batojn. Ni miris pri lia suferkapablo, kiam ni trovis, ke, kvankam la nombro de la batoj de la skurĝo, kiujn li ricevis, jam superis naŭcent, tamen lia vizaĝo ankoraŭ retenis ĝiajn originajn serenecon kaj kvietecon. Rideto estis sur lia vizaĝo, dum li tenis la manon antaŭ la buŝo. Li ŝajnis esti tute indiferenta al la batoj, per kiuj oni estis superŝutanta lin. Kiam li estis elpelata el la urbo, mi sukcesis alproksimiĝi al li, kaj mi demandis lin, kial li tenis la manon antaŭ la buŝo. Mi esprimis surprizon je la redeto sur lia vizaĝo. Li emfaze respondis: »La unuaj sep batoj estis ege dolorigaj; al la cetero mi ŝajnis iĝi indiferenta. Mi demandis min, ĉu la sekvintaj batoj efektive estis trudataj sur mian propran korpon. Sento de ega ĝojo penetris mian animon. Mi penis subpremi miajn sentojn kaj bridi mian ridadon. Mi nun povas kompreni, kiel la ĉiopova Liberiganto povas en momento ŝanĝi doloron en trankvilecon, kaj malĝojon en ĝojon. Ege glora estas Lia potenco super kaj ekster la vana emo de Liaj mortemaj kreitoj.«"* Mullá Ṣádiq, kun kiu mi konatiĝis jarojn poste, certigis ĉiun detalon de ĉi tiu kortuŝa epizodo.

La kolero de ḥusayn Khán ne satiĝis per ĉi tiu kruelega kaj tute nemeritita puno. Lia senkonsidera kaj kaprica krueleco plue eligis sin en la atako, kiun li nun direktis kontraŭ la personaĵon de Báb.[148] Li sendis al Búshihr rajdistaron el sia propra fidinda gvardio, kun emfaza instrukcio por aresti Bábon kaj konduki Lin enkatenigitan al Shíráz. La ĉefo de tiu aro, ano de la komunumo Nuṣayrí, pli bone konata kiel la sekto `Alíyu'lláhí, rakontis la jenon. *„Kompletiginte la trian etapon de nia vojaĝo al Búshihr, ni renkontis meze de la dezerto junulon, kiu portis verdan zonaĵon kaj malgrandan turbanon, kiel tiuj siyyidoj, kiuj estas en la negoca profesio. Li estis surĉevale, kaj sekvata de etiopa servanto, kiu prizorgis liajn apartenaĵojn. Dum ni alproksimiĝis al li, li salutis nin kaj demandis pri nia vojaĝocelo. Mi opiniis, ke estus plej bone kaŝi de li la veron, kaj mi respondis, ke ni estis ordonitaj de la guberniestro de Fárs konduki certan enketon en ĉi tiu ĉirkaŭaĵo. Ridetante li diris: »La guberniestro sendis vin por aresti Min. Jen Mi estas; faru al Mi laŭ via plaĉo. Pro tio, ke Mi venis renkonte al vi, Mi mallongigis la longecon de via vojiro kaj faris pli facile por vi trovi Min.« Mi surprizegiĝis pri liaj vortoj kaj miris pri liaj malkaŝemo kaj sincereco. Tamen, mi ne povis klarigi, lian pretecon submetiĝi memvole al la severa disciplino de registaraj oficistoj kaj per tio riski siajn proprajn vivon kaj*

---

[144] „Unu el la triboj de Túrán, turka familio nomita Qájár, kiu unue aperis en Persujo kun la invadanta armeo de Čľangís Ňľán." („Ăenerala Skizo pri la Historio de Persujo," p. 339, de C.R. Markham.)

[145] Laů „Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, (noto 175, p.225), ői tiu interkonatiăo okazis la 6an de aůgusto, 1845 p.Kr.

[146] Laů „Historio de Vojaăanto", p.5), certa Mullá `Alí-Akbar-i-Ardistání estis kune kun ili subigita al la sama persekuto.

[147] Korano, 3:193.

[148] „Ői tiu urbo iăis loko de flamaj diskutoj, kiuj profunde malserenigis la ăeneralan pacon. Scivolemuloj, pilgrimantoj, skandalamantoj, amasiăis tie, priparolante la novaŕon, aprobante aů kulpigante, laůdegante la junan Siyyidon aů male superĕutante Lin per malbenoj aů insultoj. Őiuj ekscitiăis, nerviăis, kvazaůfreneziăis. La mulláoj vidis kun akra maltrankvileco, dekve de kio iliaj rimedoj des pli malpliiăis. Necesis atenti, őar pli longa lolero povus malplenigi la moskeojn je iliaj kredantoj, kiuj konvinkiăus, ke nun, őar Islámo ne defendas sin, tio signifas, ke ăi konfesas esti venkita. Aliflanke, ḥusayn Ňľán, Niýámu'd-Dawlih, guberniestro de Šľíráz, timis, ke malzorgo pri la afero igus la skandalon tioma, ke poste estus neeble subpremi ăin. Tio signifus riski malfavoron, krom tio Báb ne kontentiăis prediki. Li vokis al si bonvolemajn homojn. »Kaj tiu, kiu scias la Vorton de Dio kaj ne venas al Lia helpo dum maltrankvila tempo, estas ăuste simila al tiuj, kiuj deturnis sin de la pruvo de lia sankteco ḥusayn, filo de `Alí, en Karbilá. Tiuj ja estas la malpiuloj.« (Kitáb-i-Baynu'l-ḥaramayn.) Tiamaniere őar la ĕtataj interesoj interkonsentis kun la religiaj interesoj, Niýámu'd-Dawlih kaj Šľayňľ Abú-Turáb, la Imám Jum`ih, samopiniis, ke necesos pune suferigi la Novigemulon per tia hontigo, kiu senkreditigos Lin antaů la loăantaro. Eble tiamaniere oni sukcesus trankviligi la aferon." („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", pp. 229-30, de A.L.M. Nicolas.)

*sendanĝerecon. Mi penis ignori lin kaj pretiĝis por foriri, kiam li alproksimiĝis al mi kaj diris: »Mi ĵuras je la justeco de Tiu, kiu kreis la homaron, diferencigis ĝin el inter la cetero de siaj kreitaĵoj kaj igis ĝian koron esti la trono de Liaj regeco kaj scio, ke dum Mia tuta vivo Mi eldiris nenian vorton krom la vero, kaj havis nenian alian deziron krom la bonstato kaj progreso de Miaj kunuloj. Mi malestimis Mian propran komforton kaj evitis esti kaŭzo de doloro aŭ malĝojo al iu. Mi scias, ke vi serĉas min. Mi preferas cedi min en viajn manojn, ol kaŭzi al vi kaj viaj kunuloj necesan ĝenon pro Mi.« Ĉi tiuj vortoj profunde kortuŝis min. Mi instinkte elseliĝis kaj, kisante liajn piedingojn, alparolis lin en la jenaj vortoj: »Ho lumo de la okuloj de la Profeto de Dio! Mi solene petas vin, pro Tiu, kiu kreis vin kaj dotis al vi tiajn altecon kaj potencon, ke vi plenumu mian peton kaj respondu al mia preĝo. Mi petegas vin, ke vi eskapu el ĉi tiu loko kaj forkuru de antaŭ la vizaĝo de* ḥusayn Khán*, la senkompata kaj malestiminda guberniestro de ĉi tiu provinco. Mi timegas liajn konspirojn kontraŭ vi; mi ribelas je la ideo esti ilo de liaj malicaj ruzoj kontraŭ tiel senkulpa kaj nobla ido de la Profeto de Dio. Miaj kunuloj estas ĉiuj honorinduloj. Ilia vorto estas ilia garantio. Ili promesos ne evidentigi vian forkuron. Mi petegas vin, foriru al la urbo* Mashhad *en* Khurásán*, kaj evitu viktimiĝi al la brutuleco de ĉi tiu senkora lupo.« Al mia fervora peto li respondis jene: »La Sinjoro via Dio rekompesnu vin pro viaj grandanimeco kaj nobla deziro. Neniu scias la misteron de Mia Afero; neniu povas solvi ĝiajn sekretojn. Neniam mi deturnos mian vizaĝon de la dekreto de Dio. Li sola estas Mia certa Fortikaĵo, Mia Subtenanto kaj Mia Rifuĝejo. Ĝis venos Mia lasta horo, ĝis tiam neniu kuraĝos ataki Min, neniu povos malsukcesigi la planon de la Ĉiopova. Kaj kiam venos mia horo, kiel granda estos Mia ĝojo trinkegi la pokalon de martiriĝo en Lia nomo! Jen Mi estas, konduku Min al via estro. Ne tiu, ĉar neniu kulpigos vin.« Mi faris konsentan riverencon kaj plenumis lian deziron."*

Báb tuj rekomencis sian vojaĝon al Shíráz. Libera kaj nekatentita Li vojiris antaŭ sia eskorto, kiu sekvis Lin en sintenado de respektema sindono. Per la magio de siaj vortoj Li senarmigis la malamikecon de sia gvardio kaj aliecigis ilian malhumilan arogantecon en humilecon kaj amon. Atinginte la urbon, ili iris rekte al la registarejo. Kiu ajn vidis la rajdantaron marŝantan tra la stratoj, ne povis ne miri pri ĉi tiu plej eksterordinara spektaklo. Tuj kiam ḥusayn Khán informiĝis pri la alveno de Báb, li alvokis Lin al si. Li akceptis Lin kun pleja insultemo kaj ordonis Lin, ke Li eksidu kontraŭvizaĝe al li en la mezo de la ĉambro. Li publike mallaŭdis Lin kaj per insultaj vortoj denuncis Lian konduton. *„Ĉu vi konscias," li kolere protestis, „kian grandan malbonon vi ekscitis? Ĉu vi scias, kia malhonoro vi iĝis al la sankta Kredo de* Islámo *kaj al nia estimeginda suvereno? Ĉu vi ne estas tiu, kiu pretendas esti aŭtoro de nova revelacio, kiu nuligas la sanktajn ordonojn de la Korano?"* Báb kviete respondis: *„»Se ia malbonulo venos al vi kun novaĵo, klarigu la aferon tuj, por ke vi ne malutilu aliajn pro nescio, kaj tuje devigu vin penti tion, kion vi faris«*[149]*"* Ĉi tiuj vortoj ekscitis la koleron de ḥusayn Khán. *„Kio!"* li ekkriis. *„Ĉu vi kuraĝas atribui al ni malbonon, nescion kaj malsaĝecon?"* Turnante sin al sia deĵoranto, li ordonis lin, ke li batu Bábon vizaĝe Tiel fortega estis la bato, ke la turbano de Báb falis teren. Shaykh Abú-Turáb, la Imám-Jum`ih de Shíráz, kiu ĉeestis tiun kunvenon, kaj kiu ege malaprobis la konduton de ḥusayn Khán, ordonis, ke la turbano de Báb estu remetita sur Lian kapon, kaj li invitis Lin eksidi apud si. Turnante sin al la guberniestro, la Imám-Jum`ih klarigis al li la cirkonstancojn rilate al la revelacio de la verso el la Korano, kiun Báb citis, kaj tiele li penis kvietigi lian furiozon. *„Ĉi tiu verso, kiun ĉi tiu junulo citis,"* li diris al li, *„profunde impresas min. La saĝa procedo, mi sentas, estas esplori tiun ĉi aferon tre atante kaj juĝi lin laŭ la ordonoj de la sankta Libro."* ḥusayn Khán volonte konsentis; sekve de kio Shaykh Abú-Turáb demandadis Bábon pri la ecaro kaj karaktero de Lia Revelacio. Báb neis la pretendon esti aŭ reprezentanto de la promesita Qá'im aŭ peranto inter Li kaj la kredantoj. *„Ni tute kontentiĝas"*, respondis la Imám-Jum`ih; *„ni petos vin, ke vi venu vendrede en la* Masjid-i-Vakíl*on kaj proklamu publike vian neon."* Dum Shaykh Abú-Turáb leviĝis por foriri, esperante fini la proceson, ḥusayn Khán intervenis kaj diris: *„Ni postulos, ke persono de akceptita rango donu kaŭcion kaj garantiaĵon por li, kaj ke li skribu promeson, ke, se iam estonte ĉi tiu junulo provos per vortoj aŭ faroj malutili la prosperojn aŭ de la Kredo de* Islámo *aŭ de la registaro de ĉi tiu lando, li tuj kondukos lin al ni kaj konsideros sin ĉiuokaze respondeca pri lia konduto."* ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, la patrinflanka onklo de Báb, kiu ĉeestis tiun kunvenon, konsentis funkcii kiel garantianto de sia nevo. Propramane li skribis la promeson, alfiksis al ĝi sian sigelon, certigis ĝin per subskribo de kelkaj atestantoj, kaj transdonis ĝin al la guberniestro; sekve de kio ḥusayn Khán ordonis, ke Báb estu alkonfidita al la protektado de sia onklo, kondiĉe, ke se iam ajn la guberniestro opinios, ke estas konsilinde, ḥájí Mírzá Siyyid `Alí tuj konduku Bábon al li.

ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, kun dakoplena koro al Dio, kondukis Bábon al Lia hejmo kaj konfidis Lin al la amema flegado de Lia respektegata patrino. Li ĝojis pri ĉi tiu familia reunuiĝo kaj sentis sin ege senŝarĝigita pro la liberigo de sia kara kaj amata Parenco el la ekkapto de tiu malica tirano. En la kvieto de sia propra hejmo Báb vivis kelkatempe vivon de trankvila soleco. Neniu krom Lia edzino, Lia patrino kaj Liaj onkloj havis ian interrilaton kun Li. Dume, la malbonfaremuloj diligente instigis al Shaykh Abú-Turáb, ke li alvoku Bábon al la Masjid-i-Vakílo kaj postulu, ke Li plenumu sian promeson. Shaykh Abú-Turáb estis konata kiel bonvolemulo, kaj kun temperamento kaj ecaro, kiuj surprize similis la karakteron de la mortinta Mírzá Abu'l-Qásim, la Imám-Jum`ih de ṭihrán. Li treege malemis intertrakti malestime personojn de akceptita rango, precipe se ili estas loĝantoj de Shíráz. Instinkte li sentis, ke tio ĉi estas lia devo, plenumis ĝin konscience, kaj kiel rezulto estis estimata de ĉiuj loĝantoj de tiu urbo. Tial, per evitemaj respondoj kaj oftaj prokrastoj li penis kvietigi la indignon de la popolamaso. Tamen, li trovis, ke la instigantoj de malbono kaj ribelo uzis ĉiujn penojn por plie eksciti la senton de ĝenerala indigno, kiu ekkaptis la loĝantaron. Fine li sentis sin devigata skribi konfidencan komunikon al ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, petante lin, ke li venigu Bábon kun si

[149] Koran, 49:6.

vendrede al la Masjid-i-Vakíl, por ke Li plenumu la promeson de si faritan. *„Mia espero,"* li alskribis, *„estas, ke per la helpo de Dio la dirafoj de via nevo kvietigu la streĉecon de la situacio kaj kaŭzu vian trankvilecon, kiel ankaŭ la mian."*

Báb, akompanata de Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, alvenis al la Masjid en la tempo, kiam la Imám-Jum`ih estis ĵus suprenirinta la katedron kaj pretiganta sin por la prediko. Tuj kiam liaj okuloj vidis Bábon, li publike bonvenigis Lin, petis Lin supreniri la katedron, kaj invitis Lin alparoli la kongregacion. Báb, responde al lia invito, alproksimiĝis al li kaj, starante sur la unua ŝtupo de la ŝtuparo, preteĝis alparoli la ĉeestantojn. *„Venu pli supren,"* interĵetis la Imám-Jum`ih. Konsentante lian deziron, Báb supreniris du pliajn ŝtupojn. Dum Li staris, Lia kapo estis antaŭ la brusto de Shaykh Abú-Turáb, kiu okupis la predikejon. Li komencis sian publikan deklaron per antaŭparolo. Tuj kiam Li eldiris la unuajn vortojn *„Laŭdo esto al Dio, kiu vere kreis la ĉielojn kaj la teron,"* certa siyyid, konata kiel Siyyid-i-Shish-Parí, kies ofico estis porti la oficbastonon antaŭ la Imám-Jum`ih, malĝentilege kriegis: *„Sufiĉu ĉi tiu vana babilado! Deklaru nun kaj tuj tion. Kion vi intencas diri."* La Imám-Jum`ih treege kontraŭsentis la malĝentilecon de la vortoj de la siyyid. *„Silentu,"* li reproĉis lin, *„kaj hontu pri via impertinenteco."* Tiam, turnante sin al Báb, li petis Lin paroli mallonge, ĉar ĉi tio, li diris, moderigos la eksciton de la loĝantoj. Báb, starante antaŭ la kongregacio, deklaris: *„La kondamno de Dio estu sur tiu, kiu konsideras min aŭ kiel reprezentanton de la Imám aŭ kiel ties pordon. La kondamno de Dio estu ankaŭ sur tiu, kiu akuzas min pri tio, ke mi neis la unuecon de Dio, ke mi malkonfesis la profetecon de Mahometo, la Sigelo de la Profetoj, ke mi malakceptis la verecon de iuj el la antikvaj senditoj, aŭ ke mi rifuzis ekkoni la gardantecon de `Alí, la Komandanto de la kredantoj, aŭ de iuj el la imámoj, kiuj postvenis lin."* Tiam li supreniris ĝis la supro de la ŝtuparo, ĉirkaŭbrakis la Imám-Jum`ihon, kaj, malsupreniringe sur la plankon de la Masjid, kuniĝis kun la kongregacio en solenaĵo de la vendreda preĝo. La Imám-Jum`ih intervenis kaj petis Lin foriĝi. *„Via familio,"* li diris, *„maltrankvile atendas vian revenon. Ĉiuj timas, ke malutilo okazos al vi. Iru al via domo kaj tie preĝu; pli laŭdinda estos ĉi tiu faro en la okuloj de Dio."* Ĉe peto de la Imám-Jum`ih, Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí ankaŭ estis konsilita akompani sian nevon al sia domo. Ĉi tiu antaŭzorga rimedo, kiun Shaykh Abú-Turáb opiniis, ke estus saĝe plenumi, estis konsilita pro timo, ke, post la disiĝo de la kongregacio, kelkaj el la malbonemuloj inter la popolamaso ankoraŭ provu malutili Bábon aŭ endanĝerigi Lian vivon. Se ne estus pro la sagaceco, kunsento kaj zorgema atento, kiujn la Imám-Jum`ih tiel imprese elmontris dum multaj tiaj okazoj, la furiozigita popolaĉo sendube provus satigi sian kruelan deziron kaj farus eksceson la plej abomenan. Li ŝajnis esti ilo de la nevidebla mano, elektita por protekti kaj la personaĵon kaj la Mision de tiu Junulo.[150]

Báb reatingis sian hejmon, kaj dum kelka tempo, en la privateco de sia domo kaj en intima kuneco kun sia familio kaj parencaro, ebliĝis al Li vivi en kompara trankvileco. En tiuj tagoj Li solenis la alvenon de la unua Naw-Rúz de kiam Li estis deklarinta sian Mision. Tiu festotago en tiu jaro okazis la dekan de la monato Rabí`u'l-Avval, 1261 p.H.[151]

Kelkaj inter tiuj, kiuj ĉeestis tiun memorindan okazon en la Masjid-i-Vakíl kaj aŭskultis la deklarojn de Báb, ege impresiĝis pri la majstra maniero, laŭ kiu tiu Junulo sola sukcesis silentigi siajn timigajn kontraŭulojn. Baldaŭ post ĉi tiu okazintaĵo, ĉiu el ili estis igita ekkompreni la realecon de Lia Misio kaj ekkoni ĝian gloron. Inter ili estis Shaykh `Alí Mírzá, nevo de tiu sama Imám-Jum`ih, kunulo, kiu ĵus atingis plenaĝon. La semo enplantita en lian koron kreskis kaj disvolviĝis, ĝis kiam, en la jaro 1267 p.H.,[152] li estis privilegita konatiĝi kun Bahá'u'lláh en `Iráq. Tiu vizito entuziasmigis kaj ĝojigis lin. Reveninte refreŝigita al ŝia patrujo, li rekomencis kun duobligita energio sian laboradon por la Afero. De tiu jaro ĝis la nuna tempo li persistis en sia tasko kaj atingis eminentecon per la justeco de sia karaktero kaj tutkora sindono al siaj registaro kaj lando. Antaŭnelonge atingis la Sanktan Landon letero skribita de li al Bahá'u'lláh, en kiu li esprimas egan kontentiĝon rilate al la progreso de la Afero en Persujo. *„Mi estas mutigita de miro"*, li skribas, *„kiam mi vidas la signojn de la nevenkebla potenco de Dio malkaŝitajn inter miaj samlandanoj. En lando, kiu dum jaroj tiel furioze persekutis la Kredon, estis elektita viro, kiu dum kvardek jaroj estis konata tute tra Persujo kiel* bábano*, kiel sola arbitracianto en proceso, kiu implikas unuflanke la* Ẓillu's-Sulṭán*on, tirana filo de la ŝaho kaj obstinega malamiko de la Afero, kaj aliflanke* Mírzá Fatḥ-`Alí Khán*on, la* Ṣáḥib-i-Díván*. Oni publike anoncis, ke, kio ajn estu la verdikto de ĉi tiu* bábano*, tio estu senkondiĉe akceptita de ambaŭ partioj kaj senhezite efektivigita."*

Certa Muḥammad-Karím, kiu estis inter la kongregacio tiun vendredon, ankaŭ estis allogita de la rimarkinda konduto de Báb ĉe tiu okazo. Tio, kion li vidis kaj aŭdis en tiu tago, efektivigis lian tujan konvertiĝon. Persekutado elpelis lin el Persujo al `Iráq, kie, en la ĉeesto de Bahá'u'lláh, li konstante pliprofundigis siajn komprenon kaj kredon. Poste li estis ordonita de Li reiri al Shíráz kaj peni kun pleja kapablo propagandi la Aferon. Tie li restis kaj laboradis ĝis sia morto.

Ankoraŭ alia estis Mírzá Áqáy-i-Rikáb-Sáz. Li tiel enamiĝis en Bábon en tiu tago, ke nenia persekuto, kiel ajn severa kaj plilongigita, povis aŭ malfirmigi lian kredon aŭ mallumigi la radiecon de lia amo. Ankaŭ li atingis la ĉeeston de Bahá'u'lláh en `Iráq. Responde al la demandoj, kiujn li faris rilate al la klarigo de la Nesinsekvaj Leteroj en la Korano kaj la signifo de la Verso pri Núr, li estis honorigita per persone skribita Tabuleto revelaciita de la plumo de Bahá'u'lláh. Sur Lia vojo li fine suferis martiriĝon.

---

[150] „Sekve de ői tiu publika kunsido okazigita de malspiriteco de la mullaoj kaj kiu gajnis por Li multajn sekvantojn, la tumulto pliiăis en őiuj provincoj de Persujo. La diskutado fariăis ţiel grava, ke ěaho Muḥammad sendis al Šľíráz viron, kiun li tute fidis, por ke tiu faru raporton al li pri tio, kion li estos vidinta kaj kompreninta. Ői tiu sendito estis Siyyid Yaḥyáy-i-Dárábí" („Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", pp. 232-233, de A.L.M. Nicolas.)

[151] Marto, 1845 p.Kr.

[152] 1850-1851 p.Kr.

Inter ili ankaŭ estis Mírzá Raḥím-i-Khabbáz, kiu distingiĝis per siaj sentimo kaj fajra ardo. Li ne ĉesis en sia penado ĝis la horo de sia morto.

ḥájí Abu'l-ḥasan-i-Bazzázz, kiu, kiel kunvojaĝanto kun Báb dum Lia pilgrimado al ḥijáz, apenaŭ ekkonis la subigan majestecon de Lia Misio, estis en tiu memorinda vendredo profunde kortuŝita kaj tute aliecigita. Li sentis tian amon por Báb, ke larmoj de subiga sindono senĉese elfluis el liaj okuloj. Ĉiuj, kiuj konis lin, admiris la justecon de lia konduto kaj laŭdis liajn bonvolon kaj malkaŝemon. Li, kiel ankaŭ liaj du filoj, atestis per siaj faroj la persiston de sia kredo, kaj gajnis la estimon de siaj samkredantoj.

Kaj ankoraŭ alia el tiuj, kiuj sentis la ĉarmon de Báb en tiu tago, estis la antaŭ nelonge mortinga ḥájí Muḥammad-Bisáṭ, viro spertoplena pri la metafizikaj instruoj de Islámo kaj granda admiranto de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim. Li estis bonkorema kaj naturdotita de ega humorsento. Li gajnis la amikecon de la Imám-Jum`ih, intime kunestis kun li, kaj fidele ĉeestis la vendredajn kongregaciajn preĝojn.

La Naw-Rúz de tiu jaro, kiu proklamis la alvenon de nova printempo, ankaŭ simboligis tiun spiritan renaskiĝon, kies unuaj moviĝoj jam estis distingeblaj tra la tuta larĝeco kaj vasteco de la lando. Aro de la plej eminentaj kaj kleraj inter la hojoj de tiu lando eliĝis el la vintra dezerteco de apatio, kaj viviĝis per la reviviga spiro de la ĵusnaskita Revelacio. La semoj, kiujn la Mano de Ĉiopovo enplantis en iliajn korojn, ĝermis en plej pure kaj plej bele bonodorajn floraĵojn.[153] Dum la venteto de Lia korfavoro kaj amema kompato blovetis super tiuj flloraĵoj, la penetra povo de ilia parfumo disvastiĝis tute tra tiu lando. Ĝi dissemiĝis eĉ ekster la limojn de Persujo. Ĝi atingis Karbiláon kaj revevigis la animojn de tiuj, kiuj espereme atendadis la revenon de Báb al sia urbo. Baldaŭ post Naw-Rúz, epistolo atingis ilin voje de Basrih, en kiu Báb, kiu intencis reveni el Hijáz al Persujo voje de Karbilá, informis ilin pri la ekŝanĝo de sia plano kaj pri sia sekva neebleco plenumi sian promeson. Li ordonis al ili iri al Iṣfáhán kaj resti tie ĝis alveno de plia instrukcio. *„Se Ni opinios, ke estas konsilinde"*, Li alskribis, *„Ni petos vin iri al Shíráz; se ne, restu en Iṣfáhán ĝis Dio sciigos al vi siajn volon kaj gvidadon."*

La alveno de ĉi tiu neatendita novaĵo igis konsiderindan ekscitiĝon inter tiuj, kiuj avide atendis la alvenon de Báb al Karbilá. Ĝi maltrankviligis iliajn animojn kaj provis ilian lojalecon. „kio pri Lia promeso al ni?" flustris kelkaj el la malkontentaj inter ili. „Ĉu Li konsideras sian promesrompon kiel intermetiĝon de la volo de Dio?" La aliaj, malsimile al tiuj dubantoj, plifirmiĝis en sia kredo kaj pli neŝanceleble alkroĉis al la Afero. Fidelaj al sia Majstro, ili ĝoje respondis Lian peton, tute ignorante la kietikojn kaj protestadojn de tiuj, kiuj ŝanceliĝis en sia kredo. Ili ekiris al Iṣfáhán, dicidinte plenumi ĉion laŭ la volo kaj deziro de sia Amato. Aliĝi al ili kelkaj el iliaj kunuloj, kiuj, kvankam multe malfirmigitaj en sia kredo, tamen kaŝis siajn sentojn. Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí, kies filino poste edziniĝis kun la Plej Granda Branĉo, kaj Mírzá Hádí, frato de Mírzá Muḥammad-`Alí, ambaŭ loĝantoj de Iṣfáhán, estis inter tiuj kunuloj, kies antaŭvidon pri la gloro kaj alteco de la Kredo la esprimataj duboj de la malbonaj flustrantoj masukcesis interrompi. Inter ili estis ankaŭ certa Muḥammad-i-ḥaná-Sáb, ankaŭ loĝanto de Iṣfáhán, kiu nun deĵoras en la hejmo de Bahá'u'lláh. Aro de ĉi tiuj fidelaj kunuloj de Báb partoprenis en la granda batalo de Shaykh ṭabarsí kaj mirakle evitis la tragedian sorton de siaj faliĝintaj fratoj.

---

[153] „Őiuokaze, la rezultanta impreso fariăis grandega en Šľíráz, kaj őiuj kleruloj kaj piuloj amasiăadis őirkaŭ `Alí-Muḥammad. Tuj kiam Li aperis en la moskeon, oni őirkaŭis Lin. Tuj kiam Li eksidis en la katedron, oni silentis por aŭskulti Lin. Liaj publikaj paroladoj neniam atakis la esencaŕojn de Islámo, kaj respektis la plej grandan parton de la ritaro. Ăenerale, la Kitmán superregis. Tamen, la paroladoj estis maltimemaj. La ekleziularo ne estis indulgata; ilia malvirteco estis kruele mallaŭdegata. La ăenerala temo estis la malfeliőa kaj doloriga sorto de la homaro, kaj tie ői kaj tie, certaj alludoj, kies malklareco ekscitis senton de scivolemo en kelkaj, dum ăi flatis la tromemfidon de aliaj jam tute aŭ parte iniciatatitaj, donis al tiuj predikadoj tiajn spiritecon kaj mordecon, ke őiutage la homamaso pligrandiăis, kaj tial, tute tra persujo, oni komencis paroli pri `Alí-Muḥammad. La mulláoj de Šľíráz ne atendis ăis ői tiu maltrankvileco por kuniăi kontraŭ sia juna mallaŭdanto. Tuj őe Liaj unuaj publikaj aperoj ili sendis al Li la plej lertajn el siaj homoj por argumetni kontraŭ Li kaj konfuzi Lin, kaj ői tiuj publikaj bataloj, kiuj okazis, őu en la moskeoj aŭ en la kolegioj, antaŭ la guberniesto, la militestroj, la ekleziularo, la loăantaro, fakte antaŭ őiuj, antstataŭ profiti al la pastroj, kontribuis ne malmulton por disvastigi kaj laŭdegi, je ilia risko, la gloron de la entuziasmiganto. Estas certe, ke Li venkis siajn kontraŭparolantojn; la Koranon en la mano, Li lindamnis ilin, kio ne estis tre malfacila. Estis facile por Li montri, antaŭ tiuj popolamasoj, kiuj bone konis ilin, kiagrade ilia konduto, kiagrade ilaaj reguloj, kiagrade eő iliaj dogmoj tute evidente kontraŭas la Libron, tion kion ili ne povis nei. Kun eksterordinaraj maltememo kaj fervoro, indulgante neniun, nezorgante la ordinarajn kutimojn, Li senhonorigis la malvirtecon de siaj kontraŭuloj; kajpost kiam Li pruvis, ke ili estas malfidelaj al la doktrino, Li malglorigis ilin pri ilia konduto kaj denuncis ilin őiuflanke, je la indigno aŭ maestimo de la aŭdantaro. La scenoj en Šľíráz, őe la komenco de Lia predikado, fariăis tiel ege kortuěaj, ke eő la ortodoksaj mahometanoj, kiuj őeestis, neforgeseble memoras ilin kaj parolas pri ili nur kun kvazaŭa teruro. Unuanime ili konfesis, ke la elokventeco de `Alí-Muḥammad estas tiel nekomparebla, ke oni ne povus imagi tion, se oni ne őeestis. Baldaŭ la juna Teologo ne montris sin plu publike sen granda aro da disőiploj őirkaŭ si. Lia domo estis őiam plena de ili. Li instruis ne nur en la moskeoj kaj kolegioj, se estis precipe hejme, en la verspero, ke, foriăinte kun siaj plej eminentaj adminrantoj en őambron, Li levis por ili la vualojn de doktrino, kiu ankoraŭ ne estis tute fiksita eő por Li. En tiu unua tempo ěajnis, ke Li plivole okupiăis je la polemika fako, ol la dogna, kaj nenio estas pli natura. Dum tiuj privataj konferencoj, Liaj maltimemaj deklaroj, kiuj estis multe pli oftaj, ol en la publikaj paroladoj, pligrandiăis őiutage, kaj ili tiel evidente celis al tuta renverso de Islámo, ke ili ja servis kiel preludo al nova principdeklaro. La malgranda kongregacio estis arda, maltimema, flamiăema, preta por őio, fanatika en la ăusta kaj nobla senco de la vorto, tio estas, őiu el ăiaj anoj juăis sin kiel negravulon, kaj deziregis oferi sangon kaj monon por la Afero de la Vero." („Religioj kaj Filozofioj en meza Azio", pp. 120, 122, de la Comte de Gobineau.) „Báb nun komencis amasigi őirkaŭ si aron da sindonaj aliăintoj. Ěajnas, ke li estis konata pro ega simpleco de konduto, kaj allloga mildeco, kaj mirinda őarmo de aspekto. Liaj scio kaj kortuěa parolmaniero elokventa impresis őiujn. Kaj liaj verkoj, kvankam al Gobineau ili ěajnis esti seninteresaj, tamen ili estis ege admirataj de la persoj pro la beleco kaj eleganteco de ilia stilo, kaj ili igis egan sensacion en Šľíráz. Tuj kiam li eniris moskeon, ăi estis őirkaŭata. Tuj kiam li superniris la predikejon, estis silento." („La Eklumeto", p. 194, de Sir Francis Younghusband.= „L moralinstruo predikata de Junulo en la aăo, kiam brulis la pasioj, efikis eksterordinare sur őeestantaron konsestantan el fanatikaj piuloj, precipe kiam la vortoj de la Predikanto tute harmonis kun Liaj agoj. Neniu dubis la őastecon nek la severecon de la Karbiláa Siyyid `Alí-Muḥammad. Li parolis malmulte, konstante revis, kaj plej ofte evitis la homojn, kio des pli ekscitis ilian scivolemon; őiuflanke oni deziris lin." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.341.) „Per la moraleco de sia vivo la juna Siyyid servis kiel ekzemplo al tiuj, kiuj őirkaŭis Lin. Ankaŭ oni volonte aŭskultis Lin, kiam, dum dusencaj kaj interrimpataj paroladoj, Li parolis kontraŭ la maljustaj kutimoj, kiuj regis en őiuj klasoj de socio. Oni ripetis Liajn vortojn, pliampleksigante ilin; oni parolis pri Li kiel pri la vera majstro kaj dediőis sin al Li senkondiőe." (Ibid.)

Survoje al Iṣfáhán ili rekontis, en la urbo Kangávar, Mullá ḥusaynon kaj liajn fraton kaj nevon, kiuj estis liaj kunuloj dum lia antaŭa vizito ĉe Shíráz, kaj kiuj estis irantaj al Karbilá. Ili ĝojegis pri ĉi tiu neatendita renkontiĝo, kaj petis Mullá ḥusaynon plilongigi sian restadon en Kangávár, kiun peton li volonte konsentis. Mullá ḥusayn, kiu en tiu urbo gvidadis la kunulojn de Báb dum vendredaj kongregaciaj preĝoj, estis tiel estimata kaj respektegata de siaj kundisĉiploj, ke multaj el tiuj ĉeestantoj, kiuj poste en Shíráz malkaŝis sian mallojalecon al la Kredo, ĵaluzis pri li. Inter ili estis Mullá Javád-i-Baraghání kaj Mullá `Abdu'l-`Alíy-i-Harátí, kiuj ambaŭ pretekstis submetiĝon al la Revelacio de Báb, en la espero kontentigi sian ambicion por ĉefeco. Ili ambaŭ sekrete penadis detrui la enviindan pozicion atingitan de Mullá ḥusayn. Pere de siaj alludoj kaj duondiroj ili persiste penadis disputi lian aŭtoritaton kaj malhonorigi lian nomon.

Mi aŭdis Mírzá Aḥmad-i-Kátibon, pli bone konata en tiuj tagoj kiel Mullá `Abdu'l-Karím, kiu estis kunvojaĝanto de Mullá Javád el Qazvín, rakonti la jenon: „Mullá Javád, en sia konversacio kun mi, ofte aludis al Mullá ḥusayn. Liaj oftaj kaj malpliestimigaj vortoj, ruze esprimitaj, instigis min ĉesi mian kunecon kun li. Ĉiam, kiam mi decidis disigi mian interrilaton kun Mullá Javád, mi estis malhelpata de Mullá ḥusayn, kiu, eltrovinte mian intencon, konsilis al mi toleradi lin. La kuneco de Mullá ḥusayn kun la lojalaj kunuloj de Báb multe pliigis iliajn fervoron kaj entuziasmon. Ili edifiĝis per lia ekzemplo kaj admiregis la brilajn ecojn de animo kaj koro, kiuj distingis tiel eminentan kundisĉiplon."

Mullá ḥusayn decidis aliĝi al la aro de siaj amikoj kaj iri kun ili al Iṣfáhán. Vojaĝante sola, ĉirkaŭ farsakhon[154] antaŭ siaj kunuloj, tuj kiam li paŭzis en la vespero por preĝi, li kutime estis atingita de ili, kaj li kompletigis siajn Diservojn kune kun ili. Li kutime estis la unua, kiu rekomencis la vojaĝon, kaj li estis denove atingita de tiu sindona aro je tagiĝo, kiam ankoraŭ unufoje li haltis sian vojiron por preĝi. Nur tiam, kiam li estis urĝata de siaj amikoj, konsentis li plenumi la kongregaciajn ritojn de adorado. En tiuj okazoj li ofte postpreĝis unu el siaj kunuloj. Tia estis la sindono, kiun li ekbruligis en tiuj koroj, ke aro de liaj kunvojaĝantoj ofte elseliĝis de siaj ĉevaloj kaj, proponante ilin al tiuj, kiuj estis vojaĝantaj piede, mem sekvis lin, tute indiferenta pri la penigado kaj lacigado de la vojiro.

Alproksimiĝante al la ĉirkaŭaĵo de Iṣfáhán, Mullá ḥusayn, timante, ke subita eniro de tiel granda aro povus eksciti la scivolemon kaj suspekton de ĝiaj loĝantoj, konsilis al siaj kunvojaĝantoj, ke ili disiĝu kaj eniru tra la pordegoj en malgrandaj kaj neelstarantaj grupoj. Kelkajn tagojn post ilia alveno, atingis ilin novaĵo, ke Shíráz estas en stato de furioza maltrankvilo, ke ĉia interrilato kun Báb estas malpermesita, kaj ke ilia projektita vizito ĉe tiu urbo estus plena de plej grava danĝero. Mullá ḥusayn, tute ne timigita per ĉi tiu subita novaĵo, decidis iri al Shíráz. Li sciigis sian intencon nur al kelkaj el siaj fidindaj kunuloj. Formetinte siajn robojn kaj turbanon, kaj portante jubbihon[155] kaj kuláhon uzatajn de la loĝantoj de Khurásán, alivestiĝinte kiel rajdisto de Hizárih kaj Qúchán kaj akompanata de siaj frato kaj nevo, li ekiris je neatendita horo al la urbo de sia Amato. Alproksimiĝante al ĝia pordego, li ordonis al sia frato iri noktomeze al la domo de la patrinflanka onklo de Báb kaj peti lin, ke li informu Bábon pri lia alveno. La sekvintan tagon Mullá ḥusayn ricevis bonvenan novaĵon, ke ḥájí Mírzá Siyyid `Alí atendos lin post sunsubiro ekster la pordego de la urbo. Mullá ḥusayn renkontis lin je la difinita horo kaj kuniris kun li al lia hermo. Kelkajn fojojn nokte Báb honorigis tiun domon per sia ĉeesto kaj restis en intima kuneco kun Mullá ḥusayn ĝis tagiĝo. Baldaŭ poste Li permesis al siaj kunuloj, kiuj amasiĝis en Iṣfáhánon, iom post iom foriri al Shíráz kaj tie atendi ĝis ebliĝos al Li renkonti ilin. Li vertis ilin, ke ili pleje atentu, ordonis ilin eniri kiel malgrandaj aretoj tra la pordego de la urbo, kaj plie ordonis ilin, ke tuj post sia alveno ili disiĝu en tiujn loĝejojn, kiujn oni rezervadas por vojaĝantoj, kaj ke ili akceptu kian ajn laboron ili povos trovi.

La unua grupo, kiu atingis la urbon kaj renkontis Bábon, kelkajn tagojn post la alveno de Mullá ḥusayn, konsistis el Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí, Mírzá Hádí, lia frato; Mullá `Abdu'l-Karím-i-Qazvíní, Mullá Javád-i-Baraghání, Mullá `Abdu'l-`Alíy-i-Harátí, kaj Mírzá Ibráhím-i-Shírazí. En la daŭro de sia kuneco kun Li tiuj ĉi tri lastaj el la grupo iom post iom evidentigis sian korblindecon kaj elmontris la malvirtecon de sia karaktero. La multnoblaj signoj de la pliiĝanta favoro de Báb al Mullá ḥusayn incitis ilian koleron kaj ekscitis la bruletantan fajron de ilia ĵaluzo. En sia senpova kolerego ili turnis sin al la malnoblaj bataliloj de trompo kaj kalumnio. Senpovaj unue elmontri publike sian malamikecon al Mullá ḥusayn, ili penis per ĉiu ruzo trompi la animojn kaj malpliigi la korinklinon de liaj sindonaj admirantoj. Ilia nedeca konduto forigis la kunsenton de la kredantoj kaj rapidigis ilian deisĝon de la kredantaro. Elpelitaj per siaj propraj faroj el la sino de la Kredo, ili interligiĝis kun ĝiaj konfesitaj malamikoj kaj proklamis sian tutan malakcepton de ĝiaj pretendoj kaj principoj. Tiel granda estis la malbono, kiun ili incitis inter la loĝantoj de tiu urbo, ke fine ili estis elpelitaj fare de la civila aŭtoritatularo, kiu kaj malestimis kaj timis iliajn konspiradojn. En Tabuleto, en kiu Li longe priparolas pri iliaj konspiroj kaj malbonfaroj, Báb komparis ilin al la bovido de la Sámirí, bovido, kiu havis nek voĉon nek animon, kiu estis kaj malnobla manfaritaĵo kaj adorataĵo de kaprica popolo. „Via kondamno, ho Dio!" Li skribis, aludante al Mullá Javád kaj Mullá `Abdu'l-`Alí, „estu sur la Jibt kaj ṭaghút,[156] la duopaj idoloj de ĉi tiu perversa popolo." Ĉiuj tri poste iris al Kirmán kaj kuniĝis kun ḥájí Mírzá Muḥammad Karím Khán, kies intencojn ili antaŭenpuŝis kaj la flamecon de kies denuncoj ili penis plifortigi.

Unu nokton post ilia elpelo el Shíráz, Báb, kiu estis vizitanta ĉe la hejmo de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, kien Li alvokis al si Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahríon, Mírzá Hádíon kaj Mullá `Abdu'l-Karím-i-Qazvínion, subite turnis sin al ĉi tiu lasta

---

[154] Vidu la Glosaron.

[155] Vidu la Glosaron.

[156] Korano, 4:50.

kaj diris: „`Abdu’l-Karím, ĉu vi serĉas la Malkaŝanton?” Ĉi tiuj vortoj, eldiritaj kun trankvila kaj ega mildeco, mirige efektis sur lin. Li paliĝis je ĉi tiu subita demando kaj ekploris. En stato de ega maltrankvilo li ĵetis sin ĉe la piedojn de Báb. Báb ameme ĉirkaŭbrakis lin, kisis lian frunton, kaj invitis lin eksidi apud Li. En voĉo de amema korinklino Li sukcesis kvietigi la tumulton de lia koro.

Tuj kiam ili reatingis sian hejmon, Mírzá Muḥammad-`Alí kaj lia frato demandis al Mullá `Abdu’l-Karím la kialon de la ega malkvieto, kiu subite ekkaptis lin. „Auskultu min”, li responsis; „mi rakontos al vi rakonton pri stranga travivaĵo, rakonto, kiun ĝis nun mi konfidis al neniu. Kiam mi atingis plenaĝon, mi sentis, dum mi loĝis en Qazvín, profundan, sopiron solvi al misteron de Dio kaj ekkompreni la karakteron de Liaj sanktuloj kaj profetoj. Nur la akiro de instruiteco, mi konstatis, ebligus al mi atingi mian celon. Prosperis al mi akiri permeson de miaj patro kaj onkloj forlasi mian okupon, kaj mi tuj ekenprofundiĝis en studadon kaj esploradon. Mi okupis ĉambron en unu el la madrisihoj de Qazvín kaj koncentrgis mian penadon en akiro de ĉiu havebla fako de la homa klereco. Mi ofte pridiskutis kun miaj kundisĉiploj la scion, kiun mi akiris, kaj per tio ĉi mi penis riĉigi mian sperton. Nokte mi kutime foriĝis al mia hejmo, kaj, en la izoleco de mia biblioteko, mi dediĉis multajn horojn al trankvila studado. Mi tiel enprofundiĝis en mian laboradon, ke mi fariĝis indiferenta pri dormo kaj malsato. Post du jaroj mi decidis ellerni la malsimplecojn de la mahometanaj juro kaj teologio. Mi estis fidela ĉeestanto ĉe la prelegoj de Mullá `Abdu’l-Karím-i-Íraváni, kiu en tiuj tagoj rangis kiel la plej elstaranta teologo de Qazvín. Mi multe admiris lian vastan erudicion, liajn piecon kaj virtecon. Ĉiunokte, dum la periodo, kiam mi estis lia disĉiplo, mi dediĉis mian tempon al verkado de traktaĵo, kiun mi donis al li, kaj kiun li revizis kun atento kaj intereso. Li ŝajnis esti tre kontenta pri mia progreso, kaj ofte laŭdis miajn altajn akiraĵojn. Unu tagon, antaŭ siaj kuniĝintaj disĉiploj, li deklaris: »La klera kaj sagaca Mullá `Abdu’l-Karím kapabliĝis klarigi aŭtoritate la Sanktan Skribon de Islámo. Ne necesas plu, ke li ĉeestu aŭ miajn klasojn aŭ tiujn de miaj egaluloj. Se plaĉos al Dio, mi solenigos lian altigon al rango de mujtahid en la mateno de la proksima vendredo, kaj mi transdonos lian ateston al li post la kongregacia preĝo.«

Tuj kiam Mullá `Abdu’l-Karím parolis tiujn ĉi vortojn kaj foriris, liaj disĉiploj venis kaj kore gratulis min pri miaj akiritaj kapabloj. Ege spiritaltigita mi reiris hejmen. Alveninte tien, mi eltrovis, ke miaj patro kaj pliaĝa onklo, ḥájí ḥusayn-`Alí, kiuj ambaŭ estis treege estimataj tute tra Qazvín, estis pretigantaj festenon por mia honoro, per kiu ili intencis festi la kompletigon de miaj studadoj. Mi petis ilin prokrasti la inviton, kiun ili transdonis al la konatuloj de Qazvín, ĝis plia sciigo de mi. Ili volonte konsentis, opiniante, ke, en mia dezirego por tia festo, mi ne nekonvene prokrastu ĝin. Tiun nokton mi iris al mia biblioteko kaj, en la privateco de mia ĉambreto, mi pripensadis en mia koro la jenajn pensojn: Ĉu vi ne sopireme imagis, mi diris al mi, ke nur la spirite sakntigitaj povus iam esperi atingi la postenon de aŭtoritata klariganto de la Sankta Skribo de Islámo? Ĉu ne estis via opinio, ke, kiu ajn atingus tiun postenon, tiu estus imuna kontraŭ eraremo? Ĉu vi ne estas jam konsiderata kiel unu el tiuj, kiuj posedas tiun rangon? Ĉu ne la plej eminenta teologo de Qazvín ekkonis vin kaj deklaris vin tiel? Estu justa. Ĉu vi en via koro kredas, ke vi jam atingis tiun staton de pureco kaj altega sindediĉo, kiujn vi antaŭe konsideris kiel postulojn por tiu, kiu aspiras atingi tiun altan pozidion? Ĉu vi opinias, ke vi estas libera de ĉiu makulo de egoista deziro? Dum mi sidis enpense, sento pri mia propra malindeco iom post iom subigis min. Mi ekkonis min kiel ankoraŭ viktimon de zrogoj kaj ambarasoj, de tentoj kaj duboj. Mi subpremiĝis per pensoj, kiamaniere mi konduku miajn klasojn, kiel mi gvidadu mian kongregacion en preĝo, kiel efektivigi la leĝojn kaj ordonojn de la Kredo Mi daŭre zorgis, kiel mi plenumu miajn devojn, kiel certigi la superecon de miaj akiraĵoj super tiuj, kiuj antaŭis min. Venkis min tia sento de malaltiĝo, ke mi sentis min instigita peti pardonon de Dio. Per la akirado de ĉiu ĉi tiu klereco, mi pensis al mi, vi celadis solvi la misteron de Dio kaj atingi staton de certeco. Estu justa. Ĉu vi estas certa pri via propra klarigado de la Korano? Ĉu vi estas certa, ke la leĝoj, kiujn vi proklamas, rebrilas la volon de Dio? Konscio pri eraremo subite ekkaptis min. Mi konstatis por la unua fojo, kiel rusto de klereco korodis mian animon kaj mallumigis mian vidpovon. Mi lamentis mian estintecon kaj bedaŭregis la vanecon de miaj penadoj. Mi sciis, ke miaj samranguloj suferas la samajn afliktojn. Tuj kiam ili akiris tiun ĉi tiel nomatan klerecon, ili pretendis esti klarigantoj de la Islámа leĝo kaj arogis al si ekskluzivan privilegion prelegi pri ĝia doktrino.

Mi restis enprofundiĝinta en miaj pensoj ĝis tagiĝo. Tiun nokton mi nek manĝis nek dormis. De tempo al tempo mi interparolis kun Dio: »Vi vidas in, ho mia Sinjoro, kaj Vi vidas mian staton. Vi scias, ke mi havas nenian deziron krom Viajn sanktajn volon kaj plaĉon. Mi konfuziĝas pro la penso pri la multeco de sektoj, en kiujn Via skanta Kredo falis. Mi profunde embarasiĝas, kiam mi vidas la skismojn, kiuj ŝiris la religiojn de la pasinteco. Ĉu Vi gvidados min en miaj embarasoj kaj senŝarĝigos min de miaj duboj? Kien mi turnu min por konsolo kaj gvidado?« Mi ploris tiel dolorplene tiun nokton, ke mi ŝajnis senkonsciiĝi. Subite venis al mi vizio pri grandega homamaso, la esprimo de kies radiantaj vizaĝo multe impresis min. Nobla viro, vestita en kostumo de siyyid, okupis sidejon sur la katedro antaŭ la kongregacio. Li estis klariganta la signifon de la jena sankta verso de la Korano: »Kiu ajn penados por Ni, sur Niaj vojoj Ni gvidados ilin.« Mi ensorĉiĝis per lia vizaĝo. Mi leviĝis, alproksimiĝis al li, kaj estis ĵus ĵetonta min ĉe liajn piedojn, kiam tiu vizio subite malaperis. Mia koro pleniĝis de lumo. Mia ĝojo estis nepriskribebla.

Mi tiuj decidis konsiliĝi kun ḥájí Alláh-Vardí, patro de Muḥammad-Javád-i-Farhádí, konata tute tra Qazvín pro lia profunda spirita envidpovo. Kiam mi rekontis al li mian vizion, li ridetis, kaj kun eksterordinara ĝusteco li priskribis al mi la ĉeftrajtojn de la siyyid, kiu aperis al mi. »Tiu nobla viro,« li aldiris, »estas neniu alia ol ḥájí Siyyid Káẓim-i-Rashtí, kiu estas nun en Karbilá, kaj kiun oni povas vidi ĉiutage klarigantan al siaj disĉiploj la sanktajn instruojn de Islámo. Tiuj, kiuj aŭskultas lian predikon, referŝiĝas kaj edifiĝas per liaj eldiroj. Mi tute ne povas priskribi la imprson,

kiun liaj vortoj faras sur liajn aŭskultantojn.« Mi ĝoje leviĝis kaj, espriminte al li miajn sentojn de profunda estimo, foriĝis al mia hejmo kaj tuj ekvojaĝis al Karbilá. Miaj malnovaj kundisĉiploj venis kaj petegis min aŭ viziti persone la kleran Mullá `Abdu'l-Karímon, kiu esprimis deziron konatiĝi kun mi, aŭ permesi lin veni al mia domo. »Mi sentas impulson,« mi respondis, »viziti la sanktejon de la Imám ḥusayn en Karbilá. Mi solene promesis tuj ekiri por ltiu pilgrimado. Mi ne povas prokrasti mian foriron. Se ebliĝos, mi vizitos lin por kelkaj minutoj, kiam mi ekforlasos la urbon. Se ne, mi petos lin senkulpigi min kaj preĝi por mi, ke mi estu gvidata sur la rekta vojo.«

Mi konfidence sciigis al miaj parencoj la karakteron de mia vizio kaj ĝian klarigon. Mi informis ilin pri mia projektata vizito al Karbilá. Eĉ en tiu tago miaj vortoj al ili inspiris amon por Siyyid Káẓim en iliaj koroj. Ili sentis sin ege allogitaj al ḥájí Alláh-Vardí, multe kunestis kun li, kaj fariĝis liaj fervoraj admirantoj.

Mia frato, `Abdu'l-ḥamíd (kiu poste trinkegis la pokalon de martiriĝo en ṭihrán), ekompanis min dum mia vojaĝo al Karbilá. Tie mi konatiĝis kun Siyyid Káẓim kaj miregis aŭdi lin prediki al sia disĉiplaro precize en tiuj samaj cirkonstancoj, en kiuj li aperis al mi en mia vizio. Mi miregis, kiam mi eltrovis ĉe mia alveno, ke li klarigas la signifon de la sama verso, kiun li, kiam li aperis al mi, estis klariganta al siaj disĉiploj. Dum mi sidis kaj aŭskultis lin, mi ege impresiĝis per la forto de lia diskuto kaj la profundeco de liaj pensoj. Li afable akceptis min kaj elmontris al mi plejan bonkorecon. Mia frato kaj mi ambaŭ sentis tian internan ĝojon, kian ni neniam antaŭe spertis. Tagiĝe ni ĉiam rapidis al lia hejmo kaj akompanis lin dum lai vizito ĉi la senktejo de la Imám ḥusayn.

Mi pasigis la tutan vintron en intima kuneco kun li. Dum tiu tuta periodo mi fidele ĉeestis liajn kalsojn. Ĉiam, kiam mi aŭskultis lian paroladon, mi aŭdis lin priskribi specialan vidpunkton pri la malkaŝiĝo de la promesita Qá'im. Tio ĉi formis la solan temon de liaj predikoj. Kiun ajn verson aŭ tradicion li okaze klarigis, li senvarie finis sian komentarion pri ĝi per speciala aludo al la alveno de la promesita Revelacio. »La Promesito,« li publike kaj ofte deklaris, »vivas inter ĉi tiu popolo. La difinita tempo por Lia aperiĝo rapide alproksimiĝas. Pretigu la vojon por Li, kaj ppurigu vin, por ke vi povu ekkoni Lian belon. Ĝis kiam mi foriros el ĉi tiu mondo, ĝis tiam ne malkaŝiĝos la suno de Lia vizaĝo. Decas al vi, post mia foriro, leviĝi kaj serĉi Lin. Vi ne devas ripozi eĉ unu momenton ĝis vi trovos Lin. «

Post la solenigo de Naw-Rúz, Siyyid Káẓim ordonis al mi, ke mi foriru al Karbilá. »Estu certita, ho `Abdu'l-Karím,« li diris al mi adiaŭanta min, »ke vi estas unu el tiuj, kiuj en la Tago de Lia Revelacio leviĝos por la triumfo de Lia Afero. Mi esperas, ke vi memoros min en tiu benita Tago.« Mi petegis lin, ke li permesu al mi resti en Karbilá, pretekstante, ke mia reveno al Qazvín ekscitus la malamikecon de la mullaoj de tiu urbo. »Via fido estu tute je Dio,« estis lia respondo. »Ignoru entute iliajn konspirojn. Okupiĝu je komerco, kaj estu certita, ke iliaj protestadoj neniam sukcesos malutili vin.« Mi atentis lian konsilon, kaj kune kun mia frato mi ekiris al Qazvín.

Tuj post mia alveno mi entreprenis plenumi la konsilon de Siyyid Káẓim. Pro la instruoj, kiujn li donis al mi, ebliĝis al mi silentigi ĉiun malican kontraŭulon. Mi dediĉis miajn tagojn al negocado; nokte, kiam mi reatingis mian hejmon, ken la trankvileco de mia ĉambrro mi konsekris mian tempon al meditado kaj preĝo. Kun larmplenaj okuloj mi interparolis kun Dio kaj petegis Lin, dirante: »Vi promesis pere de la buŝo de Via inspirita servanto, ke mi atingos Vian Tagon kaj vidos Vian Revelacion. Pere de li Vi certigis min, ke mi estos inter tiuj, kiuj leviĝos por la triumfo de Via Afero. Kiel linge Vi detenos de mi Vian promeson? Kiam la mano de Via korfavoro malŝlosos por mi la pordon de Via placo kaj donos al mi Vian eternan bonfaremon?« Ĉiunokte mi ripetadis tiun ĉi preĝon kaj daŭrigis miajn petegojn ĝis tagiĝo.

„Unu nokton, en la antaŭvespero de la tago `Arafih, en la jaro 1255 p.H.,[157] mi tiel enprofundiĝis en preĝo, ke mi ŝajnis ekstaziĝi. Aperis antaŭ mi birdo neĝblanka, kiu flirtis super mia kapo kaj flugis sur branĉeton de arbo apud mi. En voĉtono nepriskribeble dolĉa tiu birdo esprimis la jenajn vorojn: »Ĉu vi serĉas la Malkaŝanton, ho `Abdu'l-Karím? Jen, la jaro '60.« Tuj poste la birdo forflugis kaj malaperis. La mistero de tiuj vortoj ege agitis min. La memoro de la belo de tiu vizio daŭris longe en mia animo. Ŝajnis, ke mi spertis ĉiujn ĝojegojn de Paradizo. Mia ĝojo estis nesubpremebla.

La mistika komuniko de tiu birdo penetris mian animon, kaj ĝi ĉiam estis sur miaj lipoj. Mi daŭre prinpensis ĝin en mia animo. Mi konfidis ĝin al neniu, pro timo, ke ĝia dolĉeco forlasos min. Kelkajn jarojn poste la Alvoko el Shíráz atingis miajn orelojn. En la tago, kiam mi aŭdis ĝin, mi rapidis al tiu urbo. Survoje, en ṭihrán, mi konatiĝis kun Mullá Muḥammad-i-Mu`allim, kiu konigis al mi la karakteron de ĉi tiu Alvoko kaj informis min, ke tiuj, kiuj jam akceptis ĝin, kolektiĝis en Karbiláon kaj atendas la revenon de sia Ĉefo el ḥijáz. Mi tuj foriris al tiu urbo. Mullá Javád-i-Baraghání, je mia granda ĉagreno, akompanis min de Hamadán ĝis Karbilá, kie mi havis la privilegion konatiĝi kun vi, kiel ankaŭ kun la ceteraj kredantoj. Mi daŭre konservis en mia koro la stangan komunikon transdonitan al mi de tiu birdo. Kiam mi poste atingis la ĉeeston de Báb kaj aŭdis de Liaj lipoj tiujn samajn vortojn alparolatajn en la samaj tono kaj esprimmaniero, kiel mi jam aŭdis ilin, mi konstatis ilian signifon. Mi tiel subpremiĝis per iliaj potenco kaj gloro, ke mi instinkte falis ĉe Liajn piedojn kaj laŭdegis Lian nomon."

En la fruaj tagoj de la jaro 1265 p.H.,[158] mi ekiris el mia naskiĝa vilaĝo Zarand al Qum kie mi okaze konatiĝis kun Siyyid Ismá`íl-i-Zavari'í, alnomita Dhabíh, kiu poste en Baghdád oferis sian vivon sur la vojo de Bahá'u'lláh. Pere de li mi estis igita ekkoni la novan Revelacion. Li estis tiam pretiganta sin por foriri al Mázinderán, kaj li decidis aliĝi al la

---

[157] La nokto antaŭ la 13a de februaro, 1840 p.Kr.

[158] 1848 p.Kr.

heroaj defendantoj de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí. Li intencis venigi min kun si, kune kun Mírzá Fatḥu'lláh-i-ḥakkák, knabo samaĝa kiel mi, loĝanto de Qum. Ĉar cirkonstancoj interrompis lian planon, li promesis antaŭ sia foriro, ke li interkomunikos kun ni el ṭihrán kaj invitos nin kuniĝi kun li. En la daŭro de sia konversacio kun Mírzá Fatḥú'lláh kaj mi, li rakontis al ni la rakonton pri la mirinda travivaĵo de Mullá `Abdu'l-Karím. Ekkaptis min ega deziro konatiĝi kun li. Kiam mi poste alvenis al ṭihrán kaj konatiĝis kun Siyyid Ismá`íl en la Madrisih-i-Dáru'sh-Shafáy-i-Masjid-i-Sháh, li konatigis min al ĉi tiu sama Mullá `Abdu'l-Karím, kiu tiam estis loĝanta en tiu sama madrisih. En tiuj tagoj ni informiĝis, ke la batalo de Shaykh ṭabarsí jam finiĝis, kaj ke tiuj kunuloj de Báb, kiuj kolektiĝis en ṭihránon kaj projektis aliĝi al siaj fratoj, estis ĉiu reirinta al sia naskiĝa provinco, neebligita atingi sian celon. Mullá `Abdu'l-Karím restis en la ĉefurbo, kie li dediĉis sian tempon al tradukado de la Persa Bayán. Nia intima kuneco kun li en tiu tempo servis por pliprofundigi miajn amon kaj admiron por li. Post la paso de ok. kaj tridej karoj post nia unua intervjuo en ṭihrán, mi ankoraŭ sentas la varmecon de lia amikeco kaj la fervoron de lia kredo. Miaj sentoj de korinklina estimo por li instigis min priskribi detale la cirkonstancojn de lia frua vivo, kiu kulminis en tio, kio povus esti konsiderata kiel la turna punkto de lia tuta kariero. Ĝi siavice veku la leganton al la gloro de ĉi tiu gravega Revelacio.

## *Ĉapitro IX*
## *La Restado de Báb en Shíráz post la Pilgrimado (daŭrigita)*

Baldaŭ post la alveno de Mullá ḥusayn al Shíráz, la voĉo de la loĝantaro laŭtiĝis denove en protesto kontraŭ li. La timo kaj indigno de la popolamaso estis incititaj per la sciiĝo pri lia daŭrigata kaj intima interrilato kun Báb. "Denove li venis al nia urbo," ili bruegadis; "denove li levis la standardon de rebelado kaj estas projektanta kune kun sia ĉefo ankoraŭ pli furiozan atakon kontraŭ niaj deantikvaj institucioj." Tiel grava kaj minaca fariĝis la situacio, ke Báb ordonis al Mullá ḥusayn, ke li reatingu voje de Yazd sian naskiĝprovincon Khurásán. Li ankaŭ eksigis la ceteron de siaj kunuloj, kiuj estis amasiĝintaj en Shírázon, kaj ordonis ilin reiri al Iṣfáhán. Li retenis Mullá `Abdu'l-Karímon, al kiu Li difinis la taskon transskribi Liajn verkojn.

Ĉi tiuj antaŭzorgaj rimedoj, kiujn Báb opiniis, ke estus saĝe entrepreni, liberigis Lin de la tuja danĝero de perforto de la furiozigita loĝantaro de Shíráz, kaj helpis doni novna antaŭenpuŝon al la propagandado de Lia Kredo ekster la limoj de tiu urbo. Liaj disĉiploj, kiuj disiĝis tute tra la larĝo kaj vasto de la lando, sentime proklamis al sia samlandaranaro la regeneradan potencon de la ĵusnaskita Revelacio. La gloro de Báb estis disvastigita kaj atingis la orelojn de tiuj, kiuj okupis la plej altajn rangojn de aŭtoritato, kaj en la ĉefurbo kaj tute tra la provincoj.[159] Ondo de ekflamema esploro Regis la mensojn kaj korojn kaj de la ĉefoj kaj de la homamaso. Grandega miro ekkaptis tiujn, kiuj aŭdis de la lipoj de la senperaj senditoj de Báb la rakonton pri tiuj signoj kaj atestoj, kiuj proklamis la naskiĝon de Lia Malkaŝo. La registaraj kaj eklezaj altranguloj aŭ ĉeestis persone aŭ delegis siajn plej kapapblajn reprezentantojn por esplori la verecon kaj karakteron de ĉi tiu rimarkinda Afero. Ŝaho Muḥammad[160] mem sentis sin instigita informiĝi pri la vereco de ĉi tiuj famoj kaj esplori ilian ecaron. Li delegis Siyyid Yaḥyáy-i-Dárábíon,[161] la plej kleran, la plej elokventan kaj la plej influriĉan elsiaj regatoj, por interfjui Bábon kaj raporti al li la rezultojn de siaj esploroj. La ŝaho absolute fidis lian senpartiecon, liajn kompetentecon kaj profundan envidon spiritan. Li okupis tiel superan rangon inter la altranguloj en Persujo, ke, ĉe kiu ajn kunveno li okaze ĉeestis, kiel ajn granda estis la aro de la eklezaj ĉefoj ĉeestantaj, li ĉiam estis la ĉefa paroladanto. Neniu kuraĝis aserti siajn opiniojn en lia ĉeesto. Ili ĉiuj respektege silentis antaŭ li; ĉiuj atestis lian sagacecon, liajn nesupereblan scion kaj maturan saĝon.

---

[159] "Bábismo havis multajn adeptoj en őiuj lkasoj de socio, kaj multaj el ili okupis graven rangon; grandaj nobeloj, pastraranoj, militistoj kaj komercistoj akceptis tiun ői doktrinon." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 8, p.251)

[160] Vidu "Genealogio  de la Qájár Dinastio" őe la komenco de la libro.

[161] `Abdu'l-Bahá skribis jene pri li: "Ői tiu rimarkinda viro, ői tiu karega homo, memorlernis ne malpli ol tridekmil tradiciojn, kaj li estis altestimata kaj admirata de őiuj klasoj de homoj. Li atingis universalan distingon en Persujo, kaj liaj aůtoritato kaj erudicio estis vaste kaj plene ekkonataj." (El manuskripto rilate al maritriăoj en Persujo.)

"Ői tiu eminentulo, kiel lia nomo indikas, naskiăis en Dáráb, proksime al Šľíráz. Lia patro, Siyyid Ja`far, alnomita Kašľfí, estis unu el la plej grandaj kaj plej gloraj ulemoj de la epoko. Lia alta indeco morala, liaj karaktero kaj virteco altiris al li universalajn estimon kaj konsideron. Lia scio gajnis por li la gloran alnomon Kašľfí, kiu signifas »tiu, kiu eltrovas«,  kaj en ői tiu okazo, »tiu, kiu eltrovas kaj klarigas la diajn sekretojn«. Lia filo, de li edukita, baldaů egalis lin en őiu eco. Poste li partoprenis la favoron, per kiu oni superĕutis lian patron, kaj iris al ṭihrán antaůita de siaj gloro kaj populareco. Tie li fariăis regula gasto de princo ṭahmasp Mírzá, Mu'ayyadu'd-Dawlih, nepo de ĕaho Fatḥ-`Alí pere de sia patro Muḥammad-`Alí Mírzá. Eő la registaro montris respekton pro liaj scio kaj indeco, kaj kelkafoje konsiliăis kun li en malfacilaj situacioj. Estis pri li, ke Muḥammad Šľáhet ḥájí Mírzá Áqásí pensis, kiam oni volis trovi honestan sendoton, kies fideleco estus senduba." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p. 233.)

"Dum ői tiuj okazantaŕoj en norda Persujo, la centraj kaj sudaj provincoj estis profunde ekscititaj pro la arda elokventeco de la misiistoj de la nova doktrino. La loăantaro, impresiăema, kredema, malklera, ege superstiőa, konfuziăis pro la senőesaj mirakloj, kiujn oni rekontis al ili őiumomente; la maltrankvilaj mulláoj, sentante, ke ilia anaro tremetas preta por forlasi ilin, duobligis siajn kalumniojn kaj malbonajn atribuojn; la plej hontindaj mensogoj, la plej abomenaj fiktivaŕoj estis disvastigitaj de ili inter la loăantaro ĕanceliăanta jen pro terurego jen pro admiro... Siyyid Ja`far ne havis konon pri la doktrinoj de la Šľayňľoj, nek pri tiuj de Mullá ṣadrá. Tamen, lia flama fervoro, lia arda imagemo igis lin, őe la vivofino, deflankiăi iomete de la mallarăaj vojoj de ortodoksa ĕianismo. Li klarigis la ḥadíojn alie, ol liaj kolegoj, kaj oni diris, ke li eő sondis la sepdek kaĕitajn signifojn de la Korano... Lia filo – kiu poste superis ői tiujn strangaŕojn – en tiu tempo havis őirkaů 35 jarojn; post la fino de lia studado li ekloăis en ṭihránon, kie li intime kunestis kun őiuj grandaj eminentuloj kaj altranguloj de la kortego. Estis li, kiun Lia Imperiestra Moĕto elektis. Li estis sekve komisiita iri al Šľíráz por interrilati kun Báb, kaj informi – tiel precize kiel eble – la centran aůtoritaton pri la politikaj sekvoj, kiuj povus rezulti pro reformo, kiu ĕajne devos maltrankviligi la tutan landon." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, pp. 387-8.)

En tiuj tagoj Siyyid Yaḥyá loĝis en ṭihrán en la domo de Mírzá Luṭf-`Alí, la ceremoniara estro al a ŝaho, kiel l honorinda gasto de lia Emperiestra Moŝto. La ŝaho konfidence esprimis pere de Mírzá Luṭf-`Alí siajn eziron kaj volon, ke Siyyid Yaḥyá iru a Shíráz kaj esploru la aferon persone. "Diru al li de ni," ordonis la suvereno, "ke pro tio, ke ni pleje fidas lian rektecon, kaj admiras lian moralan kaj intelektan konduton, kaj konsideras lin kiel la plej taŭgan el la teologoj de nia regno, ni atendas, ke li iru al Shíráz, tutplene esploru la epizodon de Siyyid-i-Báb, kaj informu nin pri la rezultoj de siaj esploroj. Tiam ni scios, kiel klopodi."

Siyyid Yaḥyá mem deziris akiri senperan sciiĝon pri la pretendoj de Báb, sed ne ebliĝis al li, pro malfavoraj cirkonstancoj, entrepreni la vojaĝon al Fárs. La komuniko de ŝaho Muḥammad decidigis lin plenumi sian antaŭlonge deziratan intencon. Certigante sian suverenon pri sia preteco plenumi lian deziron, li tuj ekiris al Shíráz.

Survoje li pripensis la diversajn demandojn, kiujn li intencis fari al Báb. La vereco kaj valideco de Lia misio dependus, laŭ li, de la respondoj, kiujn ĉi tiu faros al ĉi tiuj demandoj. Je sia alveno al Shíráz li renkontis Mullá Shaykh `Alíon, alnomita `Aẓím, kun kiu li intime kunestis, kiam li estis en Khurásán. Li demandis lin, ĉu li estas kontenta pri sia intervjuo kun Báb. "Vi devus renkonti Lin," `Aẓím respondis, "kaj peni sendepende konatiĝi kun Lia Misio. Mi amike konsilas, ke vi kondutu vin plej respekteme dum viaj konversacioj kun Li, pro timo, ke fine ankaŭ vi ne devu bedaŭri ian malĝentilaĵon al Li."

Siyyid Yaḥyá renkontis Bábon ĉe la hejmo de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, kaj montris, en sia sinteno al Li, la ĝentilecon, kiun `Aẓím konsilis al li. Dum ĉirkaŭ du horoj li altiris la atenton de Báb al la plej malfacile kompreneblaj kaj konfuzigaj temoj en la metafizikaj instruoj de Islámo, al la plej neklaraj frazoj de la Korano, kaj al la misteraj tradicioj kaj antaŭdiroj de la imámoj de la Kredo. Báb unue aŭskultis liajn klerajn aludojn al la leĝaro kaj antaŭdiroj de Islámo, notis ĉiujn liajn demandojn, kaj domencis fari al ĉiu mallongan sed konvinkan respondon. La koncizeco kaj klareco de Liaj respondoj ekscitis la miron kaj admiron de Siyyid Yaḥyá. Li estis subigita de sento de humileco pri siaj propraj aroganteco kaj memaltigo. Lia sento de supereco tute malaperis. Kiam li leviĝis por foriri, li alparolis Bábon en la jenaj vortoj: "se plaĉos al Dio, dum mia proksima aŭdienco kun Vi mi faros miajn ceterajn demandojn kaj per ili mi finos mian esploron." Tuj kiam li eksiĝis li kuniĝis kun `Aẓím, al kiu li rakontis la historion pri sia intervjuo. "En Lia ĉeesto," li diris, "mi tro longe priparolis mian propran klerecon. Li povis en malmultaj vortoj respondi al miaj demandoj kaj solvi mian konfuziĝon. Mi sentis min tiel malaltigita antaŭ Li, ke mi petis permeson foriri." `Aẓím rememorigis lin pri sia konsilo, kaj petis, ke la proksiman fojon li ne forgesu la konsilon, kiun li donis al li.

Dum sia dua interfjuo, Siyyid Yaḥyá, je sia mirego, trovis, ke ĉiuj demandoj, kiujn li intencis fari al Báb, malaperis el lia memoro. Li kontentiĝis pri aferoj, kiuj ŝajnis esti neapartenaj al la celo de lia esploro. Baldaŭ li trovis, je sia eĉ pli granda surprizo, ke Báb estas respondanta, kun la sama klareco kaj koncizeco, kiuj karakterizis Liajn antaŭajn respondoujn, al tiuj samaj demandoj, kiujn li momente forgesis. "Ŝajnis, ke mi ekdormis," li poste diris. "Liaj vortoj, Liaj respondoj al demandoj, kiujn mi forgesis fari, revekis min. Voĉo ankoraŭ flustradis en mian orelon: »Ĉu tio ĉi tamen ne povus esti hazarda koincido?« Mi estis tro maltrankvila por ordigi miajn pensojn. Denove mi petis permeson foriri. `Aẓím, kiun mi poste renkontis, akceptis min kun malvarma indiferenteco, kaj severe diris: »Ke lernejoj estus tute forigitaj, kaj ke neniu el ni estus studinta en ili! Pro niaj malgrandanimeco kaj malmodesteco ni detenas de ni la savan Difavoron, kaj kaŭzas doloron al Tiu, kiu estas ĝia Fonto. Ĉu vi ne petos al Dio nuntempe, ke Li permesu, ke ?liĝu al vi atingi Lian ĉeeston kun deca humileco kaj sindediĉo, por ke eble Li korfavore liberigu vin de la subpremo de necerteco kaj dobo?«

Mi decidis, ke dum mia tria intervjuo kun Báb mi petos Lin, en la profundeco de mia koro, revelacii por mi komentarion pri la Súrih de Kawthar.[162] Mi decidis ne evidentigi tiun peton en Lia ĉeesto. Se Li, nepetite de mi, revelacius tiun ĉi komentarion laŭ tia maniero, kia tuj diferencigus ĝin en miaj okuloj de la ĝeneralaj ekzemploj kurantaj inter la komentistoj de la Korano, tiam mi konvinkiĝus pri la Dia karaktero de Lia Misio kaj volonte akceptus Lian Aferon. Se ne, mi rifuzus akcepti Lin. Tuj kiam oni enkondukis min en Lian ĉeeston, sento de timo, kiun mi ne povis klarigi, subite ekkaptis min. Miaj membroj tremetis, kiam mi vidis Lian vizaĝon. Mi, kiu ofte estis enkondukita en la ĉeeston de la ŝaho kaj neniam sentis la plej etan signon de timemo en mi, nun estis tiel timemigita kaj malforta, ke mi ne povis resti staranta. Báb, vidante mian staton, leviĝis de si sidloko, alproksimiĝis al mi, kaj ekprenante mian manon, sidigis min apud sin. »Demandu al Mi,« Li diris, »pri ĉio, kio estas via kordeziro. Mi volonte malkaŝos ĝin al vi.« Mi mutiĝis pro miro, Kiel infaneto, kiu povas nek kompreni nek paroli, tiel mi sentis min senpova respondi. Li ridetis dum Li rigardadis min kaj  diris: »Se mi revelacius pof vi la komentarion pri la Súrih de Kawthar, ĉu vi atestus, ke Miaj vortoj estas naskiĝintaj el s Spirito de Dio? Ĉu vi ekkonus, ke Mia eldiro neniel povas esti miksita kun sorĉo aŭ magio?« Larmoj fluis el miaj okuloj dum mi aŭdis Lin paroli tiujn ĉi vortojn. Ĉio, kion mi povis eldiri, estis nur la jena verso el la Korano: »Ho nia Sinjoro, ni traktis nin maljuste: se Vi ne senkulpigos nin kaj ne kompatos nin, ni certe apartenos al tiuj, kiuj morotos.«

Estis ankoraŭ frue posttagmeze, kiam Báb petis al ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, ke li alportu Lian plumojn kaj iom da papero. Tiam Li komencis revelacii sian komentarion pri la Súrih de Kawthar. Kiel mi priskribu tiun ĉi scenon de neesprimebla

[162] Korano, 108.

majesto? Versoj fluis el Lia plumo kun rapideco, kiu estis vere miregiga. La nekredebla rapideco de Lia skribado,[163] la mallaŭta kaj milda murmuro de Lia voĉo, kaj la miregiga forto de Lia stilo, mirigis kaj konfuzis min. Li daŭrigis tiamaniere ĝis alproksimiĝis la sunsubiro. Li ne ĉesis ĝis la tuta komentario pri la Súrih estis finita. Tiam li metis sian plumon sur la tablon kaj petis teon. Baldaŭ poste Li komencis laŭtlegi ĝin en mia ĉeesto. Mia koro bategisdum mi aŭdis Lin eldiri, en tono de belega dolĉeco, tiujn trezorojn konservitajn en tiu belega komentario.[164] Mi tiel raviĝis pri ĝia beleco, ke trifoje mi estis svenonta. Li revivigis mian malfortecon per kelkaj gutoj da rozakvo, kiun Li ŝprucigis sur mian vizaĝon. Tio ĉi revivigis mian forton kaj ebligis, ke me sekvu Lian legadon ĝis la fino.

Kiam Li finis sian legadon, Báb stariĝis por foriri. Forironte, Li konfidis min al la prizorgo de sia patrinflanka onklo. »Li estu via gasto,« Li diris, »ĝis kiam li, en kunlaboro kun Mullá `Abdu'l-Karím, estos fininta transskribi tiun ĉi ĵusrevelaciitan komentarion kaj kontrolinta la senerarecon de la transskribita kopio.« Mullá `Abdu'l-Karím kaj mi dediĉis tri tagojn kaj tri noktojn al ĉi tiu laboro. Ni laŭvice laŭlegis unu al la alia parton de la komentario ĝis ĝi estis entute transskribita. Ni kontrolis ĉiujn tradiciojn de la teksto kaj trovis ilin tute precizaj. Tiel estis la stato de certeco, kiun mi atingis, ke, eĉ se ĉiuj fortoj de la tero unuiĝus kontraŭ mi, ili estus senpovaj malfortigi mian konfidencon en la grandeco de Lia Afero.[165]

Pro tiu, ke post mia alveno al Shíráz mi liĝadis en la hejmo de Ḥusayn Khán, la guberniestor de Fárs, mi sentis, ke mia daŭra foresto de lia domo povus eksciti lian suspekton kaj inciti lian koleron. Tial mi decidis adiaŭiĝi de Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí kaj Mullá `Abdu'l-Karím, kaj reatingi la loĝadejon de la guberniestro. Ĉe mia alveno mi trovis, ke Ḥusayn Khán, diu dume serĉis min, avide deziris scii, ĉu mi viktimiĝis pro la magia inflou de Báb. »Neniu krom Dio,« mi respondis, »kiu sola povas ŝanĝi la homajn korojn, povas ĉarmi la koron de Siyyid Yaḥyá. Kiu ajn povas delogi lian koron, tiu venas de Dio, kaj Lia vorto estas sendube la voĉo de la Vero.« Mia respondo silentigis la guberniestron. Dum sia konversacio kun aliaj, mi poste eltrovis, li esprimis opinion, ke ankaŭ mi senespere viktimiĝis al la ĉarmo de tiu Junulo. Li eĉ skribis al ŝaho Muḥammad kaj plendis, ke dum mia restado en Shíráz mi rifuzis ĉiaspecan interrilaton kun la ulemoj de la urbo. »Kvankam niminale li estas mia gasto,« li skribis al sia suvereno, »li ofte forestas de mia domo dum multaj sinsekvaj tagoj kaj noktoj. Ke li fariĝis bábano, ke kore kaj anime li estas sklavigita de Siyyid-i-Báb, pri tio mi ĉesis havi ian dubon.«

Oni diras, ke ŝaho Muḥammad mem, ĉe unu el la registaraj solenoj en sia ĉefurbo, alparolis la jenajn vortojn al Ḥájí Mírzá Áqásí: »Oni antaŭnelonge informis min,[166] ke Siyyid Yaḥyáy-i-Dárábí fariĝis bábano. Se ĉi tio estas vera, decas al ni, ke ni ĉesu malalte taksi la aferon de tiu siyyid.« Ḥusayn Khán siaflanke ricevis la jenan imperiestran ordonon: »Estas forte malpermesite al iu ajn el miaj regatoj eldiri tiajn vortojn, kiaj emus detiri de la glora rango de Siyyid Yaḥyáy-i-Dárábí. Li estas de nobla deveno, homo de granda klereco, de perfekta kaj plena virteco. Li neniel aŭskultos ian movadon se li ne opinias, ke ĝi alkondukos al la antaŭenigo de la plej bonaj interesoj de nia regno kaj al la bonfarto de la Kredo de Islámo.«

Ricevinte tiun ĉi imperiestran ordonon, Ḥusayn Khán, senpova kontraŭstari min publike, penis sekrete ekdetrui mian aŭtoritaton. Lia vizaĝo evidentigis nepacigeblajn malamikecon kaj malamon. Tamen, li malsukcesis, pro la elstaraj favoroj faritaj al mi de la ŝaho, aŭ malutili min aŭ senkreditigi mian nomon.

Poste mi estis ordonita de Báb vojaĝi al Burújird kaj tie konatigi mian patron[167] pri la nova Revelacio. Li petegis min, ke mi elmontru al li la plejan sindetenon kaj konsideron. Pro miaj privataj konversacioj kun li mi konkludis, ke li ne volas malkonfesi la veron de la Revelacio, kiun mi alportis al li. Tamen, le preferis esti sola kaj esti permesata sekvi sian propran vojon."

---

[163] Laŭ la Kašľfu'l-Řľiṭá (p.81), ne malpli ol du mil versoj estis revelaciitaj de Báb en tiu okazo. La konfuziga rapideco de ői tiu revelacio ne estis malpli rimarkinda en la okuloj de Siyyid Yaḥyá, ol la senkompara beleco kaj profunda signifo de la versoj de tiu komentario. "En la daŭro de kvin horoj Li revelaciis du mil baytojn (versojn), tio estas, tiel rapide, kiel la skribisto povis skribi. Per tio oni povas juăi, se oni lasus Lin libera, kiom da Liaj verkoj, de la komenco de Lia Malkaěo ăis hodiaů, estus disvastigitaj inter la homoj.« ("La Persa Bayán", vol. I, p. 43.) "Dio donis al Li tian povon kaj tian esprimfluecon, ke, se lerta skribisto skribus plej rapide dum du noktoj kaj du tagoj seninterrompe, Li malkaĕus el ői tiu fonto de elokventeco la egalon de la Korano." (Ibid. , vol. 2, p. 132.) "Kaj se iu pripensus pri la apero de ői tiu Arbo (Báb), tiu sendube konfesos la altecon de la religio de Dio. Őar en Tiu, el kies vivo dudek kvar jaroj pasis, kiu estis sen tiuj sciencoj pri kiuj őiuj estas kleraj, kiu nun recitas versojn tiel senpripense kaj senhezite, kiu en la daůro de kvin horoj skribas mil versojn da preăoj sen ia paůzo de la plumo, kiu revelacias komentariojn kaj klerajn traktaŕojn de tiel altgradaj saăeco kaj kompreno pri la Dia Unueco, ke doktoroj kaj filozofoj konvesas sian nekapablon kompreni tiujn frazojn, ne estas dubo, ke őio ői tio venas de Dio." (Bayán, Váḥid 2, Báb 1) ("Historio de Vojaăanto" Noto C, p. 219.)

[164] "Certe la fakto revelacii currente calamo novan komentarion pri Súrih, kies signifo estas tiel malklara, devis miregigi Siyyid Yaḥyáon, tamen, tio, kio ankoraů pli mirigis lin, estis trovi en ői tiu komentario la klarigon, kiun li mem trovis dum siaj meditadoj pri ői tiuj tri versoj. Tiamaniere li trovis sin konsente kun la Reformanto en klarigo, kiun li supozis, ke nur li scias, kaj kiun li al neniu malkaĕis." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p. 234.)

[165] "Estas stranga afero," skribas Lady Sheil, "ke inter tiuj, kiuj akceptis la doktrinon de Báb, estis multaj mulláoj kaj eő mujtahidoj, kiuj rangas alte kiel klarigantoj de la leăo en la Mahometana religio. Multaj el ői tiuj homoj sigelis sian kredon per sia sango." ("Ekvidoj pri la Vivmaniero kaj Moroj en Persojo", pp. 178-9)

[166] Laů "Historio de Vojaăanto", (p.8), Siyyid Yaḥyá "skribis sentime kaj senzorge detalan raproton pri siaj observadoj al Mírzá Lutf-`Alí, la őambelano, por ke ői tiu povu antaůmeti ăin al la atento de la estinta ěaho, dum li mem vojais al őiuj partoj de Persujo, kaj en őiu urbeto kaj stacio li alvokis la homojn el la katedroj tiamaniere, ke aliaj kleraj doktoroj decidis, ke li estas freneza, opiniante, ke tio esta certa afere de sorőo."

[167] Lia nomo estis Siyyid Ja`far, konata kiel Kašľfí, "La Koniganto", pro lia lerteco en la interpretado de la Korano kaj la vizioj, kiujn li pretendis vidi.

Alia altrangulo de la regno, kiu senpartie esploris kaj fine akceptis la Revelacion de Báb, estis Mullá Muḥammad-`Alí,[168] naskiĝinto de Zanján, kiun Báb alnomis ḥujjat-i-Zanjání. Li estis homo liberpensa, konata pro ega originaleco kaj libereco de ĉiuj formoj de tradicia limigo. Li denuncis la tutan hierarkion de la eklezitaj ĉefoj de sia lando, de la Abváb-i-Arba`ih[169] ĝis la plej malgranda mullá inter siaj samtempuloj. Li malestimis ilian karakteron, bedaŭregis ilian degeneradon, kaj longe priparolis pri iliaj malvirtoj. Li eĉ evidentigis, antaŭ sia konvertiĝo, sintenadon de senatenta malesimo por Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í kaj Siyyid Káẓim-i-Rashtí.[170] Li tiel teruregiĝis pro la malbonfaroj, kiuj makulis la historion de ŝiana Islámo, ke, kiu ajn apartenis al tiu sekto, eĉ  se li havis altan personan klerecon, tiun li konsideris kiel nekonsiderindan. Ne malofte okazis furiozaj polemikoj inter li kaj la teologoj de Zanján, kiuj, se ne okazus la persona interveno de la ŝaho, kaŭzus grandan malordon kaj sangoverŝadon. Oni fine alvokis lin al la ĉefurbo kaj, en la ĉeesto de liaj kontraŭuloj, reprezentantoj de la ekleziaj ĉefoj de ṭihrán kaj aliaj urboj, oni petis lin defendi sian pretendon. Prosperis al li unuopa kaj sola, starigi sian superecon super siajn kontraŭulojn kaj silentigi iliajn bruegadon. Kvankam en siaj koroj ili malkonsentis liajn opiniojn kaj kondamis lian konduton, tamen ekstere ili devis atesti lian aŭtoritaton kaj certigi lian opinion.

Tuj kiam la Alvoko el Shíráz atingis liajn orelojn, ḥujjat deputis unu el siaj desĉiploj, Mullá Iskandar, kiun li plene konfidis, por esplori la tutan aferon kaj raporti al li la rezulton de siaj esploroj. Tute indiferenta je la laŭdado kaj malaprobo de siaj samlandanoj, kies rektecon li suspektis kaj kies juĝkapablon li malestimis, lli sendis sian delegiton al Shíráz kun klaraj instrukcioj konduki detalegan kaj sendependan esploron. Mullá Iskandar atingis la ĉeeston de Báb kaj sentis tuj la regeneradan forton de Lia influo. Li restis kvardek tagojn en Shíráz, dum kiu tempo li ensorbis la principojn de la Kredo kaj akiris, laŭ sia kapableco, scion pri la grado de ĝia gloro.

Kun la aprobo de Báb li reiris al Zanján. Li alvenis je tempo, kiam ĉiuj ĉefaj ulemoj de la urbo estis kunvenintaj en la ĉeeston de ḥujjat. Tuj kiam li aperis, ḥujjat demandis, ĉu li kreadas aŭ malakceptas la novan Revelacion. Mullá Iskandar antaŭmetis la verkojn de Báb, kiujn li kunportis kun si, kaj asertis, ke, kio ajn estus la verdikto de lia majstro, tion li opinius sian devon sekvi. "Kio!" kolere ekkriis ḥujjat. "Se ne pro la ĉeesto de ĉi tiu eminentularo, mi severe punus vin. Kiel vi kuraĝas konsideri aferojn de kredo esti dependaj de la aprobo aŭ malakcepto de aliaj?"  Ricevinte de la mano de sia sendito la ekzempleron de la Qayyúmu'l-Asmá', tuj kiam li tralegis paĝon el tiu libro, li falis teren kaj ekkriis: "Mi atestas, ke ĉi tiuj vortoj, kiujn ni legis, venas el la sama Fonto, kiel la Korano. Kiu ajn ekkonis la verecon de tiu sankta Libro, tiu devas atesti al la Dia deveno de ĉi tiuj vortoj, kaj devas subiĝi al la ordonoj admonistruitaj de ilia Aŭtoro. Mi vokas von, anoj de ĉi tiu kunveno, kiel miajn atestantojn; mi promesas tian lojalecon al la Aŭtoro de ĉi tiu Revelacio, ke, e se Li iam deklarus la nokton tago, kaj la sunon ombro, mi senkondiĉe subiĝus al Lia juĝo kaj konsiderus Lian verdikton kiel la voĉon de la Vero. Kiu ajn neas Lin, tiun mi konsideros kiel malkonfesanton de Dio mem." Per ĉi tiuj vortoj li finis la kunvenon.[171]

En la antaŭaj paĝoj ni aludis al la elpelo de Quddús kaj de Mullá ṣádiq el Shíráz, kaj provis priskribi, kĉ se nesufiĉe, la punon suferigitan sur ilin de la tirana kaj rabema ḥusayn Khán. Io devas nun esti dirita pri la karaktero de ilia agado post ilia elpelo el tiu urbo. Kelkajn tagojn ili vojaĝadis kune, post kiam ili disiĝis, Quddús forirante al Kirmán por interbjui ḥájí Mírzá Karím Khánon, kaj Mullá ṣádiq celante al Yazd kun la intenco daŭrigi inter la ulemoj de tiu provinco la laboron, kiun oni tiel kruele devigis lin forlasi en Fárs. Quddús estis akceptita, ĉe sia alveno, en la hejmon de ḥájí Siyyid Javád-i-Kirmání, kiun li konis en Karbilá, aj kies instruiteco, lerteco kaj kompetenteco estis ĉie atestataj de la loĝantaro de Kirmán. Ĉe ĉiuj kunvenoj en sia domo li ĉiam transdonis al sia junula gasto la honorlokon kaj traktis lin kun ega respekto kaj ĝentileco. Tiel evidenta prefero por tiel juna kaj ŝajne mezkvalita persono ekscitis la envion de la disĉiploj de ḥájí Mírzá Karím Khán, kiuj, priskribante en vivovera kaj troigita ligvaĵo la honorojn, per kiuj oni superŝutas Quddúson, penis eksciti la dormantan malamikecon de sia ĉefo. "Rigardu," ili flustris en liajn orelojn, "tiu, kiu estas la plej amata, la konfidata kaj plej intima kunulo de Siyyid-i-Báb, nun estas la estimata gasto de tiu, kiun oni atestas esti la plej potenca loĝanto en Kirmán. Se oni permesos lin goĝi en intima kuneco kun ḥájí Siyyid Javád, li sendube infuzos sian venenon en lian animon kaj faros el li instrumenton, per kiu li sukcesos disrompi vian aŭtoritatecon kaj estingi vian famon." Timigigita per ĉi tiuj malbonaj subparoloj, la malkuraĝa ḥájí Mírzá Karím Khán alpetis la guberniestron kaj inklinigis lin viziti persone ḥájí Siyyid Javádon kaj postuli, ke li finu tiun danĝetran kunecon. La vortoj de la guberniestro incitegis la koleron de la malmodera ḥájí Siyyid Javád. "Kiel ofte," li furioze protestis, "mi konsilis vin ignori la subparolojn de ĉi tiu malbona konspiranto! Mia sindeteno kuraĝigis lin. Li atento,

---

168 Oni nomis lin ḥujjatu'l-Islám.

169 Laŭlitere signifas "La Kvar Pordoj", őiu el kiuj pretendis esti peranto inter la forestanta Imám kaj liaj sekvantoj.

170 Li estis Aňľbárano. Por historio pri la Aňľbáranoj, vidu "Religioj kaj Filozofioj en meza Asio", p. 23 et seq.

171 "»Mi renkontis lin (Mullá Muḥammad-`Alí)« diras Mírzá Jání, »en ṭihrán, en la domo de Maḥmúd Ňľán, la kalantar, kie li estis malliberigita pro lia sindono al Lia Sankteco. Li diris: "Mi estis mullá, tiel fierega kaj regema, ke mi antaů neniu malaltigus min, eő ne antaů la nun mortinta ḥájí Siyyid Báqir de Rašľt, kiun oni konsideris esti la »Pruvo de Islámo« kaj la plej klera el la doktoroj. Miaj doktrinoj estis similaj al tiuj de la Aňľbáría skolo, kaj mi malkonsentis pri certaj punktoj kun la plimulto de la pastraro. Oni plendis pri mi, kaj ěaho Muḥammad alvokis min al ṭihrán. Mi venis, kaj li tralegis miajn librojn  kaj informiăis pri ilia signifo. Mi petis lin alvoki la siyyidon (t.e. Siyyid Báqir de Rašľt) ankaů, por ke ni povu disputi. Unue li intencis fari tion, se dposte, pripensinte la malbonon, kiu povus rezulti, li prokrastis la proponitan diskuton. Malmultvorte, malgraů őiu ői  aroganteco, tuj kiam novaŕo pri la Malkaěo de Lia Sankteco atingis min, kaj mi tralegis malgrandan paăon de la versoj de tiu Punkto de la Furqán, mi  kvazaů freneziăis, kaj nevole, tamen kun plena elektpovo, mi atestis la verecon de Lia pretendo kaj fariăis Lia sindona sklavo; őar mi vidis en Li la plej noblan miraklon de la Profeto, kaj, se mi estus malakceptinta ăin, mi estus malakceptinta la verecon de la religio de Islámo."«" (Historio de ḥájí Mírzá Jání: Aldonaŕo 2 de "Táríňľ-i-Jadíd", pp.349-50

por ke li ne transpaŝu siajn limojn. Ĉu li deziras uzurpi mian postenon? Ĉu li ne estas tiu, kiu akceptas en sian jehmon milojn da malestimataj kaj malnoblaj homoj kaj superŝutas ilin per ĝentilaĉa flatado? Ĉu li ne foje kaj ree penis altigi la malpiulojn kaj silentigi la senkulpulojn? Ĉu li ne, jaron post jaro, per tio, ke li refortigis la manon de la malbonfaranto, celis kunligi sin kun li kaj kontentigi siajn karnajn dezirojn? Ĉu li ne, eĉ ĝis ĉi tiu tago, persistas eldiradi siajn blasfemojn kontraŭ ĉio, kio estas pura kaj sankta en Islámo? Mia silento ŝajnas pligrandigi liajn troriskemon kaj insultemon. Li permesas al si fari la plej abomenajn faronj, kaj rifuzas permesi al mi akcepti kaj honorigi en mia propra hejmo viron tiel rektan, tiel kleran kaj noblan. Se li rifuzos lasi siajn farojn, li estu avertita, ke, je mia instigo, la plej malbonaj elementoj de la urbo elpelos lin el Kirmán." maltrankviligita per tiel furiozaj denuncoj, la guberniestro pardonpetis pro sia faro. Antaŭ ol li foriĝis, li certigis al ḥájí Siyyid Javád, ke li sentu nenian timon, ke li mem penos atentigi ḥájí Mírzá Karím Khánon pri la malsaĝeco de lia konduto, kaj inklinigi lin, ke li pentu. La komuniko de la siyyid pikis ḥájí Mírzá Karím Khánon. Konvulsigita per sento de ega kontraŭsento, kiun li povis nek subpremi nek kontentigi, li forlasis ĉiujn esperojn akiri la nedisputeblan ĉefecon super la loĝantaron de Kirmán. Tiu publika elvoko sonorigis la mortsonoradon de liaj sekretaj ambicioj.

En la privateco de sia hejmo ḥájí Siyyid Javád aŭdis Quddúson rakonti ĉiujn detalojn pri sia agado de la tago de sia foriro el Karbilá ĝis sia alveno al Kirmán. La cirdonstancoj de lia konvertiĝo kaj lia posta pilgrimado kun Báb ekscitis la imagon kaj ekbruligis la flamon de kredo en la koro de lia gastiganto, kiu preferis, tamen, kaŝi sian kredon en la espero, ke li pobu protekti pli sukcese la interesojn de la novestarigita komunumo. "Via nobla decido," Quddús ameme certigis lin, "nem estos konsiderata kiel atentinda helpo donita al la Afero de Dio. La Plejpotenculo plifortigos vian penadon kaj starigos por ĉiam vian superecon super viaj kontraŭuloj."

La okazaĵo estis rakontita al mi de certa Mírzá `Abdu'lláh-i-Ghawghá, kiu en Kirmán aŭdis ĝin el la lipoj de ḥájí Siyyid Javád mem. La sincereco de la esprimitaj intencoj de la siyyid plene praviĝis per la brilega maniero laŭ kiu, kiel rezulto de sia penado, li sukcesis rezisti la entrudojn de la insida ḥájí Mírzá Karím Khán, kiu, se li estus nekontraŭstarigata, estus kaŭzinta nekalkuleblan malutilon al la Kredo.

El Kirmán Quddús decidis foriri al Yazd, kaj el tie iri al Ardikán, Náyin, Ardistán, Iṣfahán, Káshán, Qum kaj ṭihrán. En ĉiu tiuj urboj, malgraŭ la malhelpoj, kiuj ĉirkaŭis lian vojon, li sukcesis enradiki en la komprenon de siaj aŭdantaroj la principojn, pro kiuj li tiel kuraĝe leviĝis por defendi ilin. Mi aŭdis Áqáy-i-Kalímon, fraton de Bahá'u'lláh, priskribi en la jenaj vortoj sian konatiĝon kun Quddús en ṭihrán: "La ĉarmo de lia personeco, lia ega afableco, kune kun digna sintenado, allogis eĉ la plej senatentan observanton. Kiu ajn intime kunestis kun li, tiun ekkaptis nesatigebla amiro por la ĉarmo de tiu junulo. Unu tagon mi vidis lin lavadantan, kaj frapis min la gracieco, kiu diferencigis lin de la ceteraj preĝantoj en la plenumo de tiel ordinara rito. En niaj okuloj li ŝajnis esti la enkorpiĝo de pureco kaj gracieco mem."

En ṭihrán Quddús estis enlasita en la ĉeeston de Bahá'u'lláh, post kio li iris al Mázindarán, kie, en sia naskiĝurbo Bárfurúsh, en la hejmo de sia patro, li loĝis ĉirkaŭ du jarojn, dum kiu tempo superŝutis lin per amema sindono liaj familio kaj parencaro. Lia patro, ĉe la morto de sia unua edzino, edziĝis kun sinjorino, kiu traktis Quddúson kun tiaj bonkoreco kaj prizorgo, kiujn nenia patrino esperus superi. Ŝi sopiris vidi lian edziĝon, kaj ofte oni aŭdis ŝin esprimi timon, ke ŝi kunportos kun si en la tombon "la superan ĝojon de sia koro." "La tago de mia edziĝo," Quddús rimarkigis, "ankoraŭ ne venis. Tiu tago estos neesprimeble glora. Ne en la limoj de ĉi tiu domo, sed en la libera naturo, sub la ĉiela volbo, meze de la Sabzih-Maydán, antaŭ la popolamasa rigardo, tie mi solenos mian edziĝon kaj vidos la plenigon de miaj esperoj." Tri jarojn poste, kiam tiu sinjorino sciiĝis pri la circonstancoj rilatantaj la martirigon de Quddús en la Sabzih-Maydán, ŝi rememoris liajn profetajn vortojn kaj komprenis ilian signifon.[172] Quddús restis en Bárfurúsh ĝis la tempo, kiam Mullá ḥusayn kuniĝis kun li, post ĉi ties reveno de sia vizito ĉe Báb en la kastelo de Máh-Kú. El Bárfurúsh ili ekvojaĝis al Khurásán, kiu vojaĝo iĝis memorinda per faroj tiel heroaj, ke neniuj el iliaj samlandanoj povis esperi ilin superi.

Rilate al Mullá ṣádiq, tuj kiam li alvenis al Yazd li demandis fidindan amikon, naskiĝinto de Khurásán, pri la plej novaj okazintaĵoj rilate al la progreso de la Afero en tiu provinco. Li precipe deziris sciiĝi pri la agadoj de Mírzá Aḥmad-i-Azghandí, kaj esprimis surprizon pri la ŝajna neagemeco de tiu, kiu, en la tempo, kiam la mistero de la Kredo estis ankoraŭ kaŝita, evidentigis tiel elstarantan fervoron dum li estis pretiganta la homojn por la akcepto de la atendita Malkaŝanto.

"Mírzá Aḥmad," oni diris al li, "izoliĝis por sufiĉe longa tempo en sia propra hejmo, kaj tie koncentrigis siajn energiojn en preparado de klera kaj multampleksa kompilaĝo de Islámaj tradicioj kaj antaŭdiroj rilatantaj la tempon kaj la karakteron de la promesita Spiritordo. Li kolektis pli ol dekdu mil tradiciojn de la plej klariga karaktero, kies aŭtenteco estis ĉie atestita; kaj decidis ĉiel klopodi por la kopiado kaj dissemado de tiu libro. Per kuraĝigo al siaj samdisĉiploj, ke ili citu publike el ĝia enhave ĉe ĉiuj kongregacioj kaj kunvenoj, li esper8is povi forigi tiujn malhelpilojn, kiuj malhelpus la progresadon de la Afero de lia koro.

Kiam li alvenis al Yazd, li estis varme bonvenigita de sia patrinflanka onklo, Siyyid ḥusayn-i-Azghandí, la ĉefa mujtahid de tiu urbo, kiu, kelkajn tagojn antaŭ la alveno de sia nevo, sendis al li skribitan peton rapidi al Yazd kaj

[172] Oni raportas similan dirańon en la "Kašľfu'l-Řľiţá" (p.227). Tia dirańo, la aůtoro deklaras, estis farita al li de kelkaj loăantoj de la provinco Mázindarán.

liberigi lin de la konspiroj de ḥájí Mírzá Karím Khán, kiun li konsideris kiel danĝeran tamen nekonfesintan malamikon de Islámo. La mujtahid alvokis Mírzá Aḥmadon, ke li kontraŭstaru ĉielpove la pereigan influon de ḥájí Mírzá Khán, kaj deziris, ke li ekloĝu por ĉiam en tiun urbon, por ke, per senĉesaj admonoj kaj alpetoj, li povu kun sukceso enlumigi la animojn de la loĝantaro pri la veraj celoj kaj intencoj deziregataj de tiu malica malamiko.

Mírzá Aḥmad, kaŝante de sia onklo sian unuan intencon foriri al Shíráz, decidis plidaŭrigi sian restadon en Yazd. Li montris al li l libron, kiun li kompilis, kaj konfidis ĝian enhavon al la ulemoj, kiuj amasiĝis el ĉiu parto de la urbo por konatiĝi kun li. Ĉiuj multe empresiĝis pri la diligenteco, la erudicio kaj la fervoro, kiujn la kompilinto de tiu libro evidentigis.

Inter tiuj, kiuj venis viziti Mírzá Aḥmadon, estis certa Mírzá Taqí, viro malbonega, glorama kaj fierega, kiu ĵus revenis el Najaf, kie li finis sian studadon kaj atingis rangon de mujtahid. Dum sia konversacio kun Mírzá Aḥmad, li esprimis deziron tralegi tiun libron kaj esti permisata teni ĝin dum kelkaj tagoj, por ke li povu akiri pli plenan komprenon pri ĝia enhavo. Siyyid ḥusayn kaj lia nevo ambaŭ konsentis al lia deziro. Mírzá Taqí, kiu estis redononta la libron, ne plenumis sian promeson. Mírzá Aḥmad, kiu jam suspektis la malsincerecon de la intencoj de Mírzá Taqí, instigis sian onklon rememorigi la pruntepreninton pri lia promeso. »Diru al via mastro,« estis la malĝentilega respondo al la sendito, kiu petis la libron, »ke, post kiam mi kontentiĝis pri la malbona karaktero de tiu kompilaĵo, mi decidis detrui ĝin. Hieraŭ nokte mi ĵetis ĝin en la lageton, tiamaniere malvidebliginte ĝiajn paĝojn.«

Instigite de profunda kaj forta indigno pri tiaj ruzeco kaj impertenenteco, Siyyid ḥusayn decidis veniĝigi sin. Tamen, Mírzá Aḥmad sukcesis, per siaj saĝaj konsiloj, trankviligi la koleron de sia furiozigita onklo, kaj malkonsilis lin plenumi siajn intencotajn remedojn. »Ĉi tiu puno,« li petegis, »kiun vi pripensas, ekscitos la maltrankvilon de la loĝangaro kaj incitos malbonon kaj ribeladon. Ĝi multe malhelpos la penojn, pri kiuj vi deziras, ke mi streĉuzu por estingi la influon de ḥájí Mírzá Karím Khán. Li sendube kaptos la okazon por denunci vin kiel bábanon kaj respondigos min pro tio, ke mi estas la kaŭzo de via konvertiĝo. Tiamaniere li malfortigos vian aŭtoritaton kaj gajnos la estimon kaj dankemon de la loĝantoj. Lasu lin en la manoj de Dio.«”

Mullá ṣádiq estis tre kontenta sciiĝi per la rakonto de ĉi tiu okazintaĵo, ke Mírzá Aḥmad efektive loĝadas en Yazd, kaj ne nenio malhelpos ilian renkontiĝon. Li iris tuj al la masjid, en kiu Siyyid ḥusayn estis gvidanta la kongregacian preĝon, kaj en kiu Mírzá Aḥmad predikis. Eksidinte en la unuan vicon inter la preĝantoj, li kuniĝis kun ili en preĝo, post kio li iris rekte al Siyyid ḥusayn kaj publike ĉirkaŭbrakis lin. Neinvitite li tuj poste supreniris la katedron kaj pretiĝis alparoli la kredantojn. Siyyid ḥusayn, kvankam unue mirigita, tamen preferis ne protesti, scivolante eltrovi la motivon kaj konstati la klerecan gradon de tiu neatendita entrudanto. Li signis al sia nevo, ke li detenu sin de kontraŭstaro kontraŭ li.

Mullá ṣádiq komencis sian predikon per unu el la plej konataj kaj plej ĉarmeskribitaj prediketoj de Báb, post kio li alparolis la kongregacion en la jenaj vortoj: “Danku al Dio, ho kleruloj, ĉar jen la Pordego de la Dia Scio, kiun vi opiniis fermita, estas nun larĝe malfermita. La Rivero de eterna vivo elfluas el la urbo Shíráz kaj superŝutas per netakseblaj benoj la loĝantojn de ĉi tiu lando. Kiu ajn partoprenis eĉ *u guton el ĉi tiu Oceano de ĉiela favoro, kiel ajn malalta kaj malklera li estu, tiu eltrovis en si la povon solvi la plej profunajn misterojn, kaj sentis sin kapabla klarigi la plej malfacile kompreneblajn temojn de antikva saĝeco. Kaj kiu ajn, eĉ se tiu estu la plej klera klariganto de la Kredo de Islámo, elektis fidi sian propran memfidon kaj povon, kaj rifuzis akcepti la Revelacion de Dio, tiu kondamnis sin al neriparebla malaltiĝo kaj perdo.”

Ondo de indigno kaj konsterno ekkaptis la tutan kongregacion dum ĉi tiuj vortoj de Mullá ṣádiq sonorigis tiun ĉi gravegan anoncon. La masjid eĥis pro la krioj “Blasfemo!” kiun la furiozigita kongregacio kriegis kontraŭ la paroladinto. “Eliru el ka katedro,” laŭtiĝis la voĉo de Siyyid ḥusayn en la bruegado kaj tumulto de la homoj, dum li signis al Mullá ṣádiq, ke li silentu kaj foriĝu. Tuj kiam li atingis la plankon de la masjid, la tuta anaro de la konvenintaj preĝantoj kurkaptis lin kaj superŝutis lin per batoj. Siyyid ḥusayn tuj intervenis, fortike dispelis la homamason, kaj, ekpreninte la manon de Mullá ṣádiq, perforte tiris lin al si. “Detenu viajn manojn,” li alpetis la popolamason; “lasu lin al mi. Mi kondukos lin al mia hejmo kaj detale esploros la aferon. Subita frenezatako pobus igi lin eldiri tiujn ĉi vortojn. Mi mem demandados lin. Se mi trovos, ke liaj eldiroj estas antaŭintencitaj, kaj ke li mem forte kredas je tio, kion li deklaris, per miaj propraj manoj mi suferigos sur lin la punon devigita de la leĝo de Islámo.”

Pro ĉi tiu solena certigo, Mullá ṣádiq estis liberigita de la soveĝaj atakoj de siaj atakantoj. Senvestita de siaj `abá[173] kaj turbano, sinigita je siaj sandaloj kaj bastono, kontuzita kaj tremanta pro la vundoj, kiujn li jam ricevis, li estis alkonfidita al la atentemo de la deĵorantoj de Siyyid ḥusayn, kiuj, rapide trapasinte inter la popolamaso, sukcesis fine kinduki lin al la hejmo de sia mastro. Mullá Yúsúf-i-Ardibílí ankaŭ estis subigita en tiuj tagoj al persecuto pli furioza kaj pli decida, ol la sovaĝa ekatako, kiun la loĝantoj de Yazd direktis kontraŭ Mullá ṣádiq. Se ne pro la interveno de Mírzá Aḥmad kaj la helpo de lia onklo, li certe viktimiĝus pro la kolerego de kruelega malamikaro.

---

[173] Vidu la Glosaron.

Kiam Mullá ṣádiq kaj Mullá Yúsúf-i-Ardibílí alvenis al Kirmán, ili denove devis subiĝi al similaj indignindaĵoj kaj suferi similajn dolorojn je la manoj de ḥájí Mírzá Karím Khán kaj liaj kunuloj.[174] La persistemaj penoj de ḥájí Siyyid Javád fine liberigis ilin de la premteno de ilija persekutantoj kaj ebligis al ili iri al Khurásán.

Kvankam serĉataj kaj atakataj de siaj malamikoj, la senperaj disĉiploj de Báb, kune kun siaj kunuloj en diversaj partoj de Persujo, ne estis malhelpitaj de tiaj krimaj faroj en la plenumado de sia tasko. Neflankiĝantaj en sia celo kaj neŝanceleblaj en sia kredo, ili daŭre batalis kontraŭ la teruraj fortoj, kiuj atakis ilin ĉe ĉiu paŝo de la vojo. Per siaj senlima sindono kaj senekzempla anomfirmeco ili povis elmontri al multaj el siaj samlandanoj la nobligan influon de la Kredo, por kiu ili leviĝis probatali.

Dum Váḥid[175] estis ankoraŭ en Shíráz, ḥájí Siyyid Javád-i-Karbilá'í[176] alvenis kaj estis enkondukita de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí en la ĉeeston de Báb. En Tabuleto, kiun Li skribis al Váḥid kaj ḥájí Siyyid Javád, Báb laŭdis la firmecon de ilia kredo akj emfazis la neŝanĝeblan karakteron de ilia sindono. Ĉi tiu renkontis kaj konis Bábon antaŭ la deklaro de Lia Misio, kaj li estis fervora admiranto d tiuj eksterordinaraj ecoj, kiuj diferencigis Lin ekde Lia infaneco. Posṭe li konatiĝis kun Bahá'u'lláh en Baghdád kaj fariĝis recevanto de Lia speciala favoro. Kelkajn jarojn poste, kiam Bahá'u'lláh estis ekzilita al Adrianopolo, jam grandaĝa li reiris al Persujo, restis kelkatempe en la provinco `Iráq, kaj iris el tie al Khurásán. Liaj bonkoreco, ega pardonemo kaj senarta simplanimeco gajnis por li la nomon Siyyid-i-Núr.[177]

Unu tagon, transpasante straton en ṭihrán, ḥájí Siyyid Javád vidis la ŝahon preterrajdantan. Ne timigita pro la ĉeesto de sia suvereno, li trankvile alproksimiĝis kaj salutis lin. Liaj respekteginda eksteraĵo kaj digna sintenado ege plaĉis al la ŝaho. Li akceptis lian saluton kaj invitis lin veni kaj vidi lin. Tia estis la bonvenigo elmontrita al li, ke la korteganoj de la ŝaho ekenviis lin. "Ĉu via Imperiestra Moŝto ne scias," ili protestis, "ke ĉi tiu ḥájí Siyyid Javád estas neniu alia, ol tiu, kiu, eĉ antaŭ la deklaro de Siyyid-i-Báb, proklamis sin bábano kaj promesis eternan lojalecon al li?" La ŝaho, sentante la malicon, kiu igis ilian akuzon, forte koleris kaj riproĉis ilin pri iliaj troriskemo kaj malnoblanimeco. "Kiel strange!" li laŭdire ekkriis; "kiu ajn diferenciĝas per sia konduto kaj la ĝentileco de siaj moroj, tiun tiaj regatoj tuj denuncas kiel bábanon kaj konsideras lin kiel indan je mia kondamno!"

ḥájí Siyyid Javád pasigis la lastajn tagojn de sia vivo en Kirmán, jak ĝis la lasta horo li restis fidela subtenanto de la Kredo. Li neniam ŝanceliĝis en sia kredo nek malstreĉis siajn neindulgajn penojn por la disssemado de la Afero.

Shaykh Sulṭán-i-Karbilá'í, kies prapatroj rangis inter la ĉefaj ulemoj de Karbilá, kaj kiu mem estis fortika subtenanto kaj intima kunulo de Siyyid Káẓim, estis ankaŭ inter tiuj, kiuj en tiuj tagoj konatiĝis kun Báb en Shíráz. Estis li, kiu poste iris al Sulaymáníyyih por serĉi Bahá'u'lláhon, kaj kies filino poste edziniĝis kun Áqáy-i-Kalím. Kiam li alvenis l Shíráz, li estis akompanata de Shaykh ḥasan-i-Zunúzí, al kiu ni aludis en la nunuaj paĝoj de ĉi tiu historio. Al li Báb difinis la taskon transskribi, en kunlaboro kun Mullá `Abdu'l-Karím, la de Li ĵusrevelaciitajn Tabuletojn. Shaykh Sulṭán, kiu ĉe sia alveno estis tro malsana por renkonti Bábon, unu nokton dum li ankoraŭ kuŝis malsana, ricevis komunikon de sia Amato, kiu informis lin, ke, je ĉirkaŭ du horoj post sunsubiro Li mem vizitos lin. Tiun nokton la etiopa servanto, kiu deĵoris kiel lanternportisto por sia Majstro, estis ordonita antaŭiri ĉe distanco, kiu delogus de Li la atenton de la homoj, kaj estingi la lanternon tuj kiam li estos atinginta sian celon.

Mi aŭdis Shaykh Sulṭánon mem priskribi tiun noktan viziton: "Báb, kiu ordonis al mi estingi la lampon en mia ĉambro antaŭ ol Li alvenos, venis rekte al mia litflanko. En la mallumo, kiu ĉirkaŭis nin, mi firmtenis la borderon de Lia vesto kaj petegis Lin: »Plenumu mian deziron, ho Amato de mia koro, kaj permesu, ke mi oferu min pro Vi; ĉar neniu krom Vi povas doni al mi tiun ĉi favoron.« »Ho Shaykh!« Báb respondis, »ankaŭ Mi sopiras oferbuĉi min sur la oferaltaron. Decas al ni ambaŭ firmteni la veston de la Plejamato kaj peti de Li la ĝojon kaj gloron de martireco sur Lia vojo. Estu certita, ke Mi preĝos al la Plejpotenculo pro tiu, ke Li ebligu al vi atingi Lian ĉeeston. Memoru Min en tiu Tago, tia Tago, kian la mondo neniam antaŭe vidis.« Kiam alproksimiĝis la disiĝa horo, Li metis en mian manon donacon, kiun Li petis, ke mi elspezu pro mi. Mi provis rifuzi; sed Li petegis, ke mi akceptu ĝin. Fine mi konsentis al Lia deziro; ĉe kio Li leviĝis kaj foriris.

---

[174] "Terura batalo ekokazis inter Muqaddas kaj Karím Ňľán, kiu, kiel oni scias, prenis sur sin la rangon de őefo de la šľayňľa sekṭo post la morto de Káýim. La diskuto okazis antaů grandnombra aůdantaro, kaj Karím elvokis sian kontraůulon, ke li pruvu la verecon de la misio de Báb. »Se vi faros tion,« li diris al li, »mi konvertiăos, kaj miaj disőiploj kun mi; sed, se vi ne sukcesos, mi proklamigos en la bazaroj: "Jen tiu, kiu piedpremas la sanktan leăon de Islámo."« »Mi konas vin, Karím, « respondis Muqaddas al li. »Őu vi ne memoras vian majstron Siyyid Káýim kaj tion, kion li diris al vi: "Hundo, őu vi ne deziras, ke mi mortu, kaj ke post mi aperu la absoluta vero!" Kaj jen hodiaů, instigita de via pasio por riőeco kaj gloro, vi mensogas al vi mem.« Tia komenco devus igi la diskuton mallonga. Efektive, la disőiploj de Karím eltiris siajn tranőilojn kaj ŕetis sin sur tiun, kiu estis insultanta ilian őefon. Boněance la guberniestro de la urbo intervenis, arestigis Muqaddason, kaj kondukigis lin en sian palacon. Li detenis lin kelkatempe, kaj kiam la ekscito iom trankviliăis, li forsendis lin nokte akompanatan kelkajn mejlojn de 10 rajdantoj." (Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb," pp.228-9, de A.L.M. Nicolas.)

[175] Titolo donita de Báb al Siyyid Yaḥyá-i-Dárábí.

[176] La rimarkindaj circonstancoj rilatantaj la konvertiăon de ḥájí Siyyid Javád-i-Karbilá'í estas plene rakontitaj en la "Kašľfu'l-Řľiṭá" pp. 70-77), kaj oni aludas al signifa Tabuleto revelaciita al li de Bahá'u'lláh (p. 63), en kiu la graveco de la Kitáb-i-Aqdas estas plene emfazita, kiel ankaů la neceso montri la plejajn singardemon kaj moderecon en la aplikado kaj plenumade de ăiaj ordonoj. La teksto de ői tiu Tabuleto troviăas sur pp. 64-70 de la sama libro. La jena frazo el la "Dalá'il-i-Sab`ih" aludas al la konvertiăo de ḥájí Siyyid Javád: "Áqá Siyyid Javád-i-Karbilá'í diris, ke antaů la malkaěo, kndo skribis al li la nomon de Tiu, al kiu Dio sin malkaěos." ("La Libro de la Sep Pruvoj", tradukaŕo de A.L.M. Nicolas, p.59.)

[177] Laůlitere signifas "radianta Siyyid.

Lau aludo de Báb en tiu nokto al sia »Plejamato« excitis miajn miron kaj scivolemon. En la sekvintaj jaroj mi ofte opiniis, ke tiu, al kiu Báb aludis, estas neniu alia, ol ṭáhirih. Mi eĉ imagis, ke Siyyid-i-`Uluvv estas tiu persono. Mi multe konfuziĝis kaj ne sciis, kiel solvi tiun ĉi misteron. Kiam mi alvenis al Karbilá kaj atingis la ĉeeston de Bahá'u'lláh, mi firme konvinkiĝis, ke nur Li povus meriti tian korinklinon de Báb, ke Li, kaj nur Li, pobus indi tian adoradon."

La dua Naw-Rúz post la deklaro de la Misio de Báb, kiu okazis la dudek unuan tagon de la monato Rabí`u'l-Avval, en la jaro 1262 p.H., [178] trovis Bábon ankoraŭ en Shíráz, ĝuantan, en cirkonstancoj de komparaj trankvilo kaj senĝeno, la benojn de serena kuneco kun siaj familio kaj parencaro. Kviete kaj senceremonie li solenis la feston de Naw-Rúz en sia propra hejmo, kaj, laŭ sia senvaria kutimo, bonfareme montris al ambaŭ sia patrino kaj sia edzino la signojn de siaj korinklino kaj favoro. Per la saĝeco de siaj konsiloj kaj la molkoremo de sia amo Li kuraĝigis iliajn korojn kaj dispelis ilian antaŭtimon. Li testamentis al ili ĉiujn siajn havaĵojn, kaj transdonis al iliaj nomoj la rajton al sia propraĵo. En dokumento, kiun Li mem skribis kaj subskribis, Li ordonis, ke Lia domo kaj ĝia meblaro, kiel ankaŭ la cetero de sia posedaĵaro, estu konsiderata kiel la ekskluziva propraĵo de siaj patrino kaj edzino; kaj ke, ĉe la morto de tiu, ŝia parto de la propraĵo reiru al Lia edzino.

La patrino de Báb unue ne komprenis la signifon de la Misio proklamita de sia Filo. Ŝi povis konstati la netakseblan kvaliton de tiu Trezoro, kiun ŝi eknskis kaj donis al la mondo. Estis Bahá'u'lláh, kiu fine ebligis al ŝi eltrovi la valoron de tiu Trezoro, kiu dum tiel multaj jaroj estis kaŝita de ŝiaj okuloj. Ŝi estis loĝanta en `Iráq, kie ŝi esperis pasigi la restantajn tagojn de sia vivo, kiam Bahá'u'lláh ordonis al du el siaj sindonaj sekvantoj, ḥájí Siyyid Javád-i-Karbilá'í kaj la edzino de ḥájí `Abdu'l-Majíd-i-Shírází, kiuj mbaŭ jam intime konis ŝin, ke ili instruu al ŝi la principojn de la Kredo. Ŝi akceptis la verecon de la Afero, kaj ĝis la finaj jaroj de la dektria jarcento p.H., [179] kiam ŝi mortis, ŝi restis tute konscia pri la multaj donacoj, kiujn la Plejpotenculo elektis doni al ŝi.

La edzino de Báb, malsimile al Lia patrino, konstatis de la frua tagiĝo de Lia Revelacio la gloron kaj unikecon de Lia Misio, kaj sentis dekomence ĝian egan forton. Neniu krom ṭáhirih inter la virinoj de ŝia generacio superis ŝin en la spontanea karaktero de ŝia sindono nek superis la fervoron de ŝia kredo. Al ŝi Báb konfidis la sekreton de siaj estontaj suferadoj, kaj malkaŝis antaŭ ŝiaj okuloj la signifon de la okazontaĵoj de sia Tago. Li ordonis, ke ŝi ne malkaŝu tiun ĉi sekreton al Lia patrino, kaj konsilis ŝin esti pacienca kaj rezigna al la volo de dio. Li konfidis al ŝi specialan preĝon revelaciitan kaj skribitan de si, keis legado, Li certigis al ŝi, forigos ŝiajn malfacilaĵojn kaj plimalpezigos la ŝarĝon de ŝiaj mizeroj. "En la tempo de via konfuzo," Li ordonis al ŝi, "preĝu tiun ĉi preĝon antaŭ ol vi endormiĝos. Mi mem aperos al vi kaj forpelos vian maltrankvilon." Fidela al Lia konsilo, ĉiam, kiam ŝi turnis sin al Li en preĝo, la lumo de Lia ĉiama gvidado lumigis ŝian vojon kaj solvis ŝiajn problemojn.[180]

Post kiam Báb saldis la aferojn de sia domanaro kaj provizis por la estonta subteno de ambaŭ sia patrino kaj sia edzino, Li transloĝiĝis el sia propra hejmo en tiun de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí. Tie Li atendis la alproksimiĝintan horon de siaj suferadoj. Li sciis, ke la afliktoj atendantaj Lin ne povos plu esti prokrastataj, ke baldaŭ Li estos kaptita en rapida turnovento de malfeliĉo, kiu portos Lin rapide sur la martirecan kampon, la supera celo de Lia vivo. Li ordonis al tiuj el siaj disĉiploj, kiuj ekloĝis en Shírázon, inter kiuj estis Mullá `Abdu'l-Karím kaj Shaykh ḥasan-i-Zunúzí, ke ili iru al Iṣfahán kaj tie atendu Liajn pluajn ordonojn. Siyyid ḥusayn-i-Yazdí, unu el la Literoj de la Vivanto, kiu antaŭnelonge alvenis al Shíráz, estis same ordonita iri al Iṣfahán kaj kuniĝi kun la aro de siaj samdisĉiploj en tiu urbo.

Dume, ḥusayn Khán, la uberniestro de Fárs, streĉis ĉiun penon impliki Bábon en novajn embarasojn kaj malnobligi Lin eĉ pli multe antaŭ la publiko. La bruletanta fajro de lia malamikeco flamiĝis per la scio, ke oni permesas al Báb daŭrigi senĝene siajn agadojn, ke Li ankoraŭ povas asocii kun certaj el siaj kunuloj, kaj ke Li daŭre ĝuas la bonojn de libera kuneco kun siaj familio kaj parencaro.[181] Per la helpo de siaj sekretaj perantoj li sukcesis ĝuste sciiĝi pri la karaktero kaj influo de la Afero, kiun Báb estis iniciatinta. Li sekrete observis Liajn agadojn, konstatis la gradon de entuziasmo, kiun Li ekscitadis, kaj elesploris la motivojn, la konduton kaj la nombron de tiuj, kiuj akceptis Lian Aferon.

Unu nokton venis al ḥusayn Khán la ĉefo de liaj senditoj kun raporto, ke la nobro de tiuj, kiuj amasiĝadas por vidi Bábon, tiel ege pligrandiĝas, ke necesa estus tuja ago flanke de tiuj, kies funkcio estas gardi la sekurecon de la urbo. "La avida popolamaso, kiu kolektiĝas ĉiunokte por vidi Bábon,", li rimarkigis, "superas laŭnombre la popolamason, kiu amasiĝas ĉiutage antaŭ la pordegoj de via registara sidejo. Inter ili oni vidas homojn eminentajn tiel pro sia alta rango kiel pro sia vasta klereco.[182] Tia estas la takto kaj malŝparema malavaro, kiujn la patrinflanka onklo elmontras en sia

---

[178] 1846 p.Kr.

[179] La dektria jarcento p.H. finiăis en Oktobor, 1882, p.Kr.

[180] "La vidvino de Báb postvivis ăis p.H. 1300, nur antaů ses jaroj. Ĕi estis fratino de la patṛinflanka avo de mia amiko. La suprecititaj detaloj devenas de maljunulino de la sama familio, do oni povus őiel konsideri ilin kiel fidindajn," (Ŕurnalo de la Reăa Azia Societo, 1889, p. 993.)

[181] "Dume, la tumulto, la egaj diskutoj, la skandalo, daůris en Šľíráz tiel, ke, ăenita per őiu tiu bruego, timema pri la rezultato, kiu povus okazi, ḥájí Mírzá Áqásí ordonis al ḥusayn Ńľán Niýámu'd-Dawlih, ke li alfinigu la Reformanton kaj mortigu Lin sekrete. ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M.Nicolas, p.235.)

[182] "Ego kolerigitaj, malkontentaj kaj maltrankviligitaj, la mulláoj de Fárs, ne povante antaůvidi la gradon, kiun tiu populara indigno kontraů ili povus atingi, ne estis la solaj, kiuj konfuziăis. La aůtoritatuloj de la urbo kaj de la provinco komprenis tre bone, ke la homoj, kiuj estas flegataj de ili, kaj kiuj ne tre volonte subiăas al ilia gvidado, nuntempe estas tute sendependaj de ăi. La homoj de Šľíráz, malkonstantaj, mokantaj, tumultemaj, batalemaj, ribelemaj, ege insultemaj, tute indiferentaj al la dinastio Qájár, neniam estis facile regeblaj, kaj iliaj administrantoj ofte

sintenado al viaj registarestroj, ke neniu el viaj subuloj emas konigi al vi la veron de la stato. Se vi permesos,mi surprizatakos Bábon je noktomezo kun la helpo de aro de viaj deĵorantoj, kaj transkondukos al vi certajn el liaj kunuloj fermanumitaj, kiuj klarigos al vi pri liaj agadoj, kaj kiuj certigos la verecon de miaj deklaroj." Ḥusayn Khán rifuzis konsenti al lia deziro. "Mi scias pli bone, ol vi," estis lia respondo, "kion postulas la interesoj de la ŝtato. Observu min de malproksime; mi scios,kiel trakti lin."

Eĉ en tiu momento la guberniestro alvokis `Abdu'l-Ḥamíd Khánon, la policestron de la urbo. "Iru tuj," li ordonis lin, "al la domo de Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí. Silente kaj nerimarkite suprenrampu la muron kaj supreniru sur la tegmeton, kaj de tie subite eniru en lian hejmon. Arestu Siyyid-i-Bábon tuj kaj konduku lin, tien-ĉi, kune kun la vizitantoj, kiuj okaze ĉeestus kun li en tiu tempo. Konfisku kiajn ajn librojn kaj dokumentojn, kiujn vi povos trovi en tiu domo. Rilate al Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, estas mia intenco suferigi punon sur lin en la proksima tago, pro tio, ke li ne plenumis sian promeson. Mi ĵuras je la imperia diademo de ŝaho Muḥammad, ke eĉ en ĉi tiu nokto mi ekzekutos Siyyid-i-Bábon, kune kun liaj aĉaj kunuloj. Ilia malhonora morto estingos la flamon, kiun ili ekbruligis, kaj atentigos ĉiun aspirantan sekvonton de tiu kredo pri la danĝero, kiu atendas ĉiun pacrompanton en ĉi tiu regno. Pere de tiu faro mi estos eksterminta herezon, kies daŭrado signifas la plej gravan minacon kontraŭ la interesoj de la ŝtato."

`Abdu'l-Ḥamíd Khán foriĝis por plenumi sian taskon. Kune kun siaj helpantoj li rompeniris en la domon de Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí[183] kaj trovis Bábon en kuneco de Lia patrinflanka onklo kaj certa Siyyid Káẓim-i-Zanjání, kiu poste estis martirigita en Mázindarán, kaj kies frato, Siyyid Murtaḍá, estis unu el la Sep Martiroj de Ṭihrán. Li tuj arestis ilin, kolektis ĉiujn dokumentojn troveblajn, ordonis al Ḥájí Mírzá Siyyid `Alí resti en sia domo, kaj kondukis la ceterajn al la registara sidejo. Oni aŭdis Bábon, sentiman kaj trankvilan, ripeti la jenan verson el la Korano: "Tio, per kio ili estas minacataj, estas por la mateno. Ĉu la mateno ne estas proksime?

Tuj kiam la policestro atingis la vendistarejon, je sia granda surprizo li eltrovis, ke la loĝantoj de la urbo estas forkurantaj konsternite el ĉiu flanko, kvazaŭ kuratingataj de terura afliktego. Li teruregiĝis, kiam li vidis la longan ĉerkaron rapide transportatan tra la stratoj, ĉiu el kiu estis sekvata de procesio de geviroj laŭte kriegantaj pro suferego kaj doloro. Ĉi tiu subita tumulto, la lamentadoj, la timesprimantaj vizaĝoj, la malbenoj de la popolamaso, ĉio afliktis kaj konfuzis lin. Li demandis la kialon. "Eĉ en ĉi tiu nokto," oni diris al li, "ekiĝis senkompara veneniga pesto.[184] Ni estas afliktataj de ĝia pereiga forto. De noktomezo ĝi jam estingis la vivojn de pli ol cent personoj. Timego kaj malespero regas en ĉiu domo. La loĝantoj estas forlasantaj siajn hejmojn, kaj en tiu stato ili alpreĝas la helpon de la Plejpotenculo.[185]

`Abdu'l-Ḥamíd Khán, timigita de ĉi tiu terura novaĵo, kuris al la hejmo de Ḥusayn Khán. Maljunulo, kiu gardis lian domon, kaj kiu estis deĵoranta kiel pordisto, informis lin, ke la domo de sia mastro estas senhoma, ke la ruinigoj de la pesto dezertigis lian hejmon kaj afliktis lian domanaron. "Du el liaj etiopaj servistinoj", oni diris al li, "kaj servanto jam viktimiĝis pro la skurĝo, kaj anoj de lia propra familio estas nun malsanegaj. En sia malespero mia mastro forlasis sian hejmon kaj, lasante la mortintojn neenterigitaj, forkuris kun la cetero de sia familio al la Bágh-i-Takht."[186]

`Abdu'l-Ḥamíd Khán decidis konduki Bábon al sia propra hejmo kaj gardi Lin ĉe si ĝis venos instrukcioj de la guberniestro. Alproksimiĝante  al sia domo, li estis frapita de la sonoj de plorado kaj vekriado de sia domanaro. Lia filo estis atakita de la pesto, kaj li estis ŝvebanta ĉe la mortorando. En sia malespero li ĵetis sin ĉe la piedojn de Báb kaj larmplene petegis Lin savi la vivon de lia filio. Li petis Lin pardoni liajn pasintajn pekojn kaj malbonfarojn. "Mi solene petas vin," li petegis Bábon dum li firmtenis la borderon de Lia vesto, "je Tiu, kiu altigis vin al ĉi tiu alta posteno, ke vi propetu pro mi kaj preĝu por la resaniĝo de mia filo. Ne permesu, ke li, en la flortempo de juneco, estu forprenita de mi. Ne kulpigu lin pro la kulpoj, kiujn lia patro faris. Mi pentas tion, kion mi faris, kaj eĉ en ĉi tiu momento mi eksiĝas el mia posteno. Mi solene promesas, ke neniam denove mi akceptos tian postenon, eĉ se mi malsatmortos."

Báb, kiu estis lavadanta sin kaj pretiĝanta por la tagiĝa preĝo, ordonis, ke li portu al sia filo iom de la akvo, per kiu Li estis lavanta sian vizaĝon, kaj petu, ke li trinku ĝin. Tio, Li diris, savos lian vivon.

Tuj kiam `Abdu'l-Ḥamíd Khán vidis la signojn de la resaniĝo de sia filo, li skribis leteron al la guberniestro, en kiu li sciigis lin pri la tuta situacio, kaj petis lin ĉesi siajn atakojn kontraŭ Báb. "Kompatu vin," li skribis al li, "kiel ankaŭ tiujn, kiujn Providenco konfidis al via zorgado. Se la furiozo de ĉi tiu pesto fatale daŭros, je tagfino neniu en ĉi tiu urbo,

---

pasigis lacigajn tagojn. Kio do estus la stato de ői tiuj administrantoj, se la Vera Őefo de la urbo kaj de la lando, la Arbitranto de iliaj pensoj, ili Idolo, estus Junulo, kiu, sentima, kun neneaj ligiloj kaj kun nenea deziro por persona pligrandiăo, farus piedestalon el sia libereco kj profitus ăin per tio, ke Li senriske kaj publike atakas őiutage őion, kio ăis nun estis konsiderata kiel potenca kaj respektata en la urbo? Vere, la korteganoj, la registaro, la administra sistemo mem, ankoraů intelekta malhonesto kaj la rabofaroj de la pastroj, estus dube, őu Li aprobus la saman tiel malbonegan rabemon flanke de la publikaj altranguloj, kaj oni povus tre bone opinii, ke, en la tago, kiam ili estos elesploritaj de Li, Li ne preterlasus okazon vidi kaj furioze kondamni la misuzojn, kiujn oni ne povis plu kaěi." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineao, pp.122-123.)

[183] 23. Septembro, 1845, p.Kr. Vidu "Táríňľ-i-Jadíd", p.204.

[184] Ekiăo de űolero.

[185] Báb aludas al ői tiu okazintaŕo en la "Dalá'il-i-Sab`ih" en la jenaj vortoj: "Rememoru la unuajn tagojn de la Malkaěanto. Kiel multe da personoj mortis pro űolero! Tio estis unu el la mirindaŕoj kaj neniu komprenis ăin. Kvar jarojn la skurăo furiozis inter la mahometanaj Ěianoj, kaj neniu sciis ăian signifon." ("La Libro de la Sep pruvoj", traduko de A.L.M. Nicolas, pp.61-2.)

[186] Ăardeno en la őirkaůaŕo de Šľíráz.

mi timas, estos postvivinta la teruregon de ĝia atako.” ḥusayn Khán respondis, ke Báb estu tuj liberigita kaj permesita iri tien, kien ajn Li dezirus.[187]

Tuj Kiam sciigo pri ĉi tiuj okazintaĵoj atingis ṭihránon kaj estis atentigitaj al la ŝaho, imperiestra edikto eksigante ḥusayn Khánon estis eldonita kaj sendita al Shíráz. De la tago de sia eksigo tiu senhonta tirano viktimiĝis pro sennombraj malprosperoj, kaj fine li ne povis gajni eĉ sian ĉiutagan panon. Neniu ŝajnis volema aŭ kapabla savi lin de lia malbona stato. Kiam poste Bahá’u’lláh estis ekzilita al Baghdád, ḥusayn Khán sendis leteron al Li, en kiu li esprimis penton kaj promesis kompensi pri siaj estintaj malbonfaroj kondiĉe, ke li regajnu sian antaŭan postenon. Bahá’u’lláh rifuzis respondi al li. Malaltigita en mizeron kaj honton, li malvigliĝis ĝis sia morto.

Báb, kiu estis restanta ĉe la hejmo de `Abdu’l-ḥamíd Khán, sendis Siyyid Káẓimon por peti al ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, ke li venu vidi Lin. Li informis sian onklon pri sia intencata foriro el Shíráz, konfidis al lia zorgo ambaŭ sian patrinon kaj sian edzinon, kaj admonis lin, ke li transdonu al ĉiu esprimon de sia korinklino kaj certigo pri al ĉiama helpo de Dio. “Kie ajn ili estu,” Li diris al sia onklo adiaŭante lin, “la ĉioĉirkaŭantaj amo kaj protektado de Dio ĉirkaŭos ilin. Mi denove renkontos vin inter la montoj de Ádhirbáyján, el kie mi elsendos vin por akiri la kronon de martireco. Mi mem sekvos vin, kune kun unu el Miaj lojalaj disĉiploj, kaj kuniĝos kun vi en la eterna regno.”

## *Ĉapitro X*
## *La Pasloĝo de Báb en Iṣfáhán*

La Somero de la jaro 1262 p.H.[188] estis finiĝonta, kiam Báb diris sian lastan adiaŭan al sia naskiĝurbo Shíráz kaj iris al Iṣfáhán. Siyyid Káẓim-i-Zanjání akompanis Lin dum tiu vojaĝo. Alproksimiĝante al la ĉirkaŭaĵo de la urbo, Li skribis leteron al la gubeniestro de la provinco, Manúchihr Khán, la Mu`tamidu’d-Dawlih,[189] en kiu Li petis lin konigi sian deziron rilate al la loko, kie Li loĝadu. La letero, kiun Li konfidis al Siyyid Káẓim, esprimis tian ĝentilecon kaj elmontris tian ĉarmegan skribarton, ke la Mu`tamid sentis sin instigita ordoni al la Sulṭánu’l-`Ulamá, la Imám-Jum`ih de Iṣfáhán,[190] la ĉefa eklezia aŭtoritatulo de tiu provinco, ke li akceptu Bábon en sian propran hejmon kaj elmontru al Li bonkoran kaj malavaran bonvenigon. Kun sia komuniko la guberniestro kunsendis al la Imám-Jum`ih la leteron, kiun li ricevis de Báb. La Sulṭánu’l-`Ulamá do ordonis al sia propra frato, kies sovaĝa krueleco en postaj jaroj gajnis por li de Bahá’u’lláh la nomon Raqshá,[191] ke li iru kun aro de siaj favorataj kunuloj por renkonti kaj eskorti la atendatan Vizitanton al la urba pordego. Dum Báb alproksimiĝis, la Imám-Jum`ih eliris persone bonvenigi Lin, kaj kondukis Lin ceremonie al sia domo.

Tiaj estis la honoroj, per kiuj oni superŝutis Bábon en tiuj tagoj, ke, en certa vendredo, kiam Li estis reiranta al la domo el la publika banejo, oni vidis popolamason avide brupetadantan la akvon, kiun Li uzis por sia lavado. Liaj fervoraj admirantoj firme kredis je ĝiaj nepraj efektiveco kaj potenco resanigi iliajn diversajn malsanojn. La Imám-Jum`ih mem, eĉ de la unua nokto, tiel enamiĝis en Tiun, kiu estis la celo de tia sindono, ke, prenante sur sin la funkciojn de deĵoranto, li entreprenis plenumi ĉiujn bezonojn de sia amata Gasto. Ekprenante la akvokruĉon el la mano de la ĉefservisto, kaj tute ignorante la kutiman dignon de sia rango, li ekverŝis la akvon sur la manojn de Báb.

Unu noktón, post vespermanĝo, la Imám-Jum`ih, kies scivolemo estis ekscitita de la eksterordinaraj ecoj, kiujn lia junula Gasto elmontris, kuraĝis peti Lin revelacii komentarion pri la Súrih de Va’l-`Aṣr.[192] Lia peto estis volonte plenumita. Petinte plumon kaj paperon, kun miriga rapideco kaj sen ia ajn antaŭpenso, Báb komencis revelacii, en la ĉeesto de sia gastiganto, plej klerign interpretaĵon pri la suprecitita Súrih. Estis preskaŭ noktomezo, kiam Báb trovis sin klarigantan la multablajn implikojn, kiujn la unua litero de tiu Súrih enhavas. Tiu litero, la litero váv, kiun Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá’í jam tiel emfazis en siaj verkoj, simboligis por Báb la alvenon de nova ciklo de Dia Revelacio, kaj de tiam ĝi estis aludata de Bahá’u’lláh en la “Kitáb-i-Aqdas” en tiaj frazoj, kiel “la mistero de la Granda Renverso” kaj “la Signo de la Suvereno.” Baldaŭ poste Báb komencis parolkanti, en la ĉeesto de sia gastiganto kaj liaj kunuloj, la prediketon, per kiu Li enkondukis sian komentarion pri la Súrih. Tiuj potencaj vortoj miregigis Liajn aŭdantojn. Ili ŝajnis esti kvazaŭ sorĉataj de la magio de Lia voĉo. Instinkte ili ekstaris kaj, kune kun la Imám-Jum`ih, respektege kisis la borderon de Lia vesto. Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Harátí, eminenta mujtahid, subite esprimis ĝojegon kaj laŭdadon. “Nekompreneblaj kaj unikaj”, li ekkriis, “kiel estas la vortoj, kiuj elfluis el ĉi tiu plumo, tamen kapabli revelacii dum tiel mallonga tempo kaj en tiel legebla skribmaniero, tiel grandan nombron da versoj, ke ili egalas kvaronon, eĉ trionon,

---

[187] Laŭ “Historio de Vojaăanto”, (p.11), “ḥusayn Ňl’án liberigis Bábon kondiőe, ke li forlasu la rubon.”

[188] 1846 p.Kr.

[189] “Li (Manúčľihr Ňl’án) estis energia kaj kuraăa viro, kaj en 1841 li tute subpremis la Baňľtíyárajn tribojn, kiuj ekribelis. Lia forta tamen severa administrado havigis al la loăantoj de Iṣfahán iom da justeco.” (Ăenerala Skizo pri la Historio de Persujo”, de C.R. Markham, p.487.)

[190] Laů Mírzá `Abu’l-Fađl (manuskripto, p.66), la nomo de la Imám-Jum`ih de Iṣfáhán estis Mír Siyyid Muḥammad, kaj lia titolo “Sulṭánu’l-`Ulamá’”. “La ofico de ṣadru’ṣ-ṣudúr, aů őefpastro en la ṣafava tempo, estis nuligita de ăaho Nádir, kaj la Imám-Jum`ih de Iṣfáhán estas nun la őefa eklezia altrangulo de Persujo.” (“Ăenerala Skizo pri la Historio de Persujo”, de C.R. Markham, p. 365.)

[191] Signifas serpentino.

[192] Korano, 103.

de la Korano, esta mem tia faro, kiun nenia mortemulo, sen lahelpo de Dio, povus esperi plenumi. Nek la fendo de la luno nek la vivigo de la ŝtonetoj de la maro povas kompari kun tiel potenca faro."

Dum la eminenteco de Báb iom ost iom dissemiĝis tute tra la rubo Iṣfáhán, senfina amaso da vizitantoj venis el ĉiu kvartalo al la domo de la Imám-'Jum`ih: kelkaj por kontentigi sian scivolemon, aliaj por akiri pli profundan komprenon pri la fundamentaj veroj de Lia Kredo, kaj ankoraŭ aliaj por serĉi rimedon por siaj malsanoj kaj suferadoj. Unu tagon la Mu`tamid mem venis viziti Bábon kaj, sidante meze de kunsidantaro de la plej brilaj kaj kleraj teologoj de Iṣfáhán, petis Lin klarigi la karakteron kaj elpruvi la validecon de la Nubuvvat-i-Kháṣṣih.[193] En tiu sama kunveno li jam antaŭe alvokis la ĉeestantojn citi tiajn pruvojn kaj atestojn por ĉi tiu fundamenta artikolo de sia Kredo, kiuj formus nerefuteblan ateston por tiuj, kiuj emas malkonfesi ĝian veron. Tamen neniu ŝajnis kapabla respondi al lia invito. "Kiun vi preferas", demandis Báb, "ĉu parolan ĉu skriban respondon al via demando?" "Skriba respondo," li respondis, "ne nur plaĉus al tiuj, kiuj ĉeestas tiun ĉi kunvenon, sed edifus kaj instruus kaj la nunajn kaj la venontajn generaciojn."

Báb tuj prenis sian plumon kaj komencis skribi. Dum malpli ol du horoj Li plenigis ĉirkaŭ kvindek foliojn per plej refreŝiga kaj detala esploro pri la deveno, la karaktero kaj la trapentra influo de Islámo. La originaleco de Lia Disertacio, la forto kaj energio de ĝia stilo, la precizeco de ĉiuj ĝiaj detaloj, vestis Lian traktadon de tiu nobla temo per bonegeco, kiun ĉiu inter la ĉeestantoj tiuokaze nepre perceptis. Kun majstra envidpovo Li kunigis la centran ideon en la finaj frazoj de ĉi tiu klarigo kun la alveno de la promesita Qá'im kaj la atendata "Reveno" de la Imám ḥusayn.[194] Li rezonis kun tiaj forto kaj kuraĝo, ke tiuj,  kiuj aŭdis Lin reciti ĝiajn versojn, miregis pro la grandeco de Lia revelacio. Neniu kuraĝis subkomprenigi la plej trivialan kontraŭstaron – des malpli disputi Liajn deklarojn. La Mu`tamid ne povis ne eligi siajn entuziasmon kaj ĝojon. "Aŭdu min!" li ekkriis. "Aĥoj de tiu ĉi respektegata kunsido, mi alvokas vin kiel miajn atestantojn. Neniam ĝis ĉi tiu tago mi firme konvinkiĝis en mia koro pri la vereco de Islámo. De nun, dank' la ĉi tiu klarigo skribita de ĉi tiu Junulo, mi deklaras min firma kredanto je la Kredo proklamita de la Apostolo de Dio. Mi solene atestas mian kredon je la realeco de la superhoma povo, per kiu ĉi tiu Junulo estas didotita, povo, kiun nenia klereco povos iam doni." Per Ĉi tiu vortoj li finigis la kunvenon.

La pligrandiĝanta popolareco de Báb ekscitis la kontraŭsenton de la ekleziaj aŭtoritatuloj de Iṣfáhán, kiuj maltrankvile kaj envie vidis la altiĝon, kiun neklera junulo estis iom post iom akiranta super la pensojn kaj konsciencojn de iliaj sekvantoj. Ili firme kredis, ke, se ili ne haltigus la afluon de populara entuziasmo, eĉ la fundamentoj de sia ekzistado estus detruitaj. Kelkaj el la pli sagacaj inter ili opiniis, ke estus saĝe deteni sin de rekte malamikaj agoj kontraŭ la personeco aŭ instruoj de Báb, ĉar tia agado, ili sentis, emus nur plialtigi Lian *restiĝon kaj firmigi Lian rangon. Tamen, la malbonfaremuloj daŭre okupiĝis je dissemado de la plej kruelaj famoj pri la karaktero kaj pretendoj de Báb. Ĉi tiuj famoj baldaŭ atingis ṭihránon kaj estis atentigitaj al ḥájí Mírzá Áqásí, la ĉefveziro de ŝaho Muḥammad. Ĉi tiu fierega kaj aroganta ministro vidis kun antaŭtimo la evlecon, ke lia suvereno iutage emus amike helpi Bábon, emo, kiu, li certiĝis, rapidegus lian propran ruinigon. Plie, la ḥájí antaŭtimis, ke la Mu`tamid, kiu ĝuis la konfidencon de la ŝaho, ne sukcesos aranĝi intervjuon inter la suvereno kaj Báb. Li bone sciis, ke, se tia intervjuo okazus, la impresiĝema kaj molkora ŝaho Muḥammad estus tute favorigita de la allogeco kaj noveco de tiu kredo. Instigita de tiaj pripensoj, li skribis forte esprimitan komunikon al la Imám-Jum`ih, en kiu li reproĉis lin pro lia bedaŭrinda malatento rilate lian devon protekti la interesojn de Islámo. "Ni esperis," ḥájí Mírzá Áqásí skribis al li, "ke vi kontraŭstaros per via tuta povo ĉiun aferon, kiu konfliktus kun la plej bonaj interesoj de la registaro kaj homoj de ĉi tiu lando. Anstataŭe, ŝajnas, ke vi amike helpas, eĉ gloras, la aŭtoron de ĉi tiu nekonata kaj malestiminda movado." Li ankaŭ skribis plurajn kuraĝigajn leterojn al la ulemoj de Iṣfáhán, kiujn li antaŭe ignoris, sed kiujn li nun estis superŝutanta per siaj specialaj favoroj. Kvankam la Imám-Jum`ih rifuzis aliigi sian respekteman sintenadon al sia Gasto, tamen li estis igita de la stilo de la komuniko, kiun li ricevis de la ĉefveziro, ordoni siajn kunulojn elpensi tiajn rimedojn, kiaj emus malpliigi la ĉiam pligrandiĝantan nombron da vizitantoj, kiuj svarmas ĉiutage al la ĉeesto de Báb. Muḥammad-Mihdí, alnomita la Safíhu'l-`Ulamá', filo de la mortinta ḥájí Kalbásí, pro sia deziro plenumi la peton kaj gajni la estimon de ḥájí Mírzá Áqásí, komencis kalumnii Bábon el la katedro en la plej nedecaj vortoj.

Tuj kiam la Mu`tamid sciiĝis pri ĉi tiuj disvolviĝoj, li sendis komunikon al la Imám-Jum`ih, en kiu li rememorigis lin pri la vizito, kiun li, kiel guberniestro, faris ĉe Báb, kaj transdonis al li, kiel ankaŭ al lia Gasto, inviton al sia hejmo. La Mu`tamid invitis ḥájí Siyyid Asadu'lláhon, filo de la mortinta ḥájí Siyyid Muḥammad Báqir-i-Rashtí, ḥájí Muḥammad-Ja`far-i-Ábádiyíon, Muḥammad-Mihdíon, Mírzá ḥasan-i-Núríon, kaj kelkajn aliajn ĉeesti tiun kunvenon. ḥájí Siyyid Asadu'lláh rifuzis la inviton kaj penis malkonsentigi la invititojn partopreni en tiu kunveno. "Mi intencas rifuzi ĉeesti", li informis ilin, "kaj mi nepre petegas vin fari same. Mi konsideras, ke estos plej malsaĝe viaflanke renkonti Siyyid-i-Bábon. Li sendube reasertos sian pretendon, kaj subtenante sian argumenton, li citos kian ajn pruvon vi deziros, kaj tute senhezite revelacios, kiel atestaĵon pri la vero, kiun li proklamas, tiel multajn versojn, ke ili egalus duonon de la Korano. Fine li disputos kun vi en la jenaj vortoj: »Faru same, se vi estas homoj de vero.« Ni neniam povos sukcese rezisti lin. Se ni ignoros respondi al li, nia senpovo estos malkaŝita. Aliflanke, se ni submetiĝos al lia pretendo, ni ne nur perdos nian propran reputacion, niajn proprajn prerogativojn kaj rajtojn, sed ni kompromitos nin al la akcepto de kiajn ajn pretendojn li emus fari estonte."

---

[193] "La Specifa Misio" de Mahometo.

[194] Aludo al sia propra Misio kaj al la posta Revelacio de Bahá'u'lláh.

ḥájí Muḥammad-Ja`far priatentis tiun ĉi konsilon kaj rifuzis akcepti la inviton de la guberniestro. Muḥammad Mihdí, Mírzá ḥasan-i-Núrí, kaj kelkaj aliaj, kiuj rifuzis tiun konsilon, prezentis sin je la difinita horo en la hejmon de la Mu`tamid. Ĉe invito de la gastiganto, Mírzá ḥasan, famkonata platonisto, petis Bábon klarigi certajn filozofajn doktrinojn malfacile kompreneblajn, kiuj havas relaton kun la `Arshíyyih de Mullá ṣadrá,[195] kies signifon nur malmultaj povis solvi.[196] En simplaj kaj neformalaj vortoj Báb respondis al ĉiu el liaj demandoj. Mírzá ḥasan, kvankam nekapable ekkompreni la signifon de la respondoj, kiujn li ricevis, tamen konstatis, kiel malsupera estas la klereco de la tiel nomataj montranoj de la platonista kaj de la aristotelista skoloj liatempaj, kompare kun la scio elmontrita de tiu Junulo. Muḥammad Mihdí entreprenis siavice demandi Bábon pri certaj vidpunktoj de la Islámа leĝo. Malkontenta pri la klarigo, kiun li ricevis, li komencis disputi bagatele kun Báb. Li estis baldaŭ silentigita de la Mu`tamid, kiu, interrompinte lian konversacion, turnis sin al deĵoranto jak, ordoninte lin ekbruligi la lanternon, ordonis, ke Muḥammad Mihdí estu tuj kondukita hejmen. La Mu`tamid poste konfidis siajn antaŭtimojn al la Imám-Jum`ih. “Mi timas la konspirojn de la malamikoj de Siyyid-i-Báb,” li diris al li. “La ŝaho alvokis Lin al ṭihrán. Oni ordonis al mi fari aranĝojn por Lia foriro. Mi opinias, ke estus pli konsilinde, ke Li restu en mia jemno ĝis la tempo, kiam Li povos forlasi tiun ĉi urbon.” La Imám-Jum`ih konsentis al lia peto kaj reiris hejmen sola.

Báb restis vardek tagojn ĉela loĝadejo de la Imám-Jum`ih. Dum Li ankoraŭ estis tie, certa Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Harátí, kiu havis la privilegion renkonti Bábon ĉiutage, entreprenis, kun Lia kunsento, traduki unu el Liaj verkoj, titolita Risáliy-i-Furú`-i-`Adlíyyih, el la originala araba lingvo en la persan. Tamen, la servo kiun li per tio faris al la persaj kredantoj, estis malbonigita per lia posta konduto. Timo subite ekkaptis lin, kaj fine li estis inklinigita disigi sian interrilaton kun siaj samkredantoj.

Antaŭ ol Báb translokigis sian loĝadon al la domo de la Mu`tamid, Mírzá Ibráhím, patro de la Sulṭánu’sh-Shuhadá’ kaj pli maljuna frato de Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí, al kiu ni jam aludis, unu nokton invitis Bábon al sia hejmo. Mírzá Ibráhím estis amiko de la Imám-Jum`ih, intime kunestis kun li, kaj estris la administradon de ĉiuj liaj aferoj. La festeno, kiun oni provizis por Báb en tiu nokto, estis nesupereble belega. Estis Ĉie rimarkate, ke nek la estroj nek la eminentuloj de la urbo proponis feston tiel grandan kaj brilan. La Sulṭánu’sh-Shuhadá kaj lia frato, la Maḥbúbu’sh-Shuhadá, kiuj estis knaboj na- kaj dekunu-jaraj respektive, deĵoris dum tiu festeno kaj ricevis specialan rimarkigon de Báb. Tiun nokton, dum la manĝo, Mírzá Ibráhím turnis sin al sia Gasto kaj diris: “Mia frato, Mírzá Muḥammad-`Alí, ne havas infanon. Mi petas Vin propeti pro li kaj plenumi lian kordeziron.” Báb prenis porcion de la manĝaĵo, kiun oni jam servis al Li, metis ĝin per siaj propraj manoj sur pladon kaj transdonis ĝin al sia gastiganto, petante, ke li portu ĝin al Mírzá Muḥammad-`Alí kaj lia edzino. “Ili ambaŭ partoprenu tion ĉi”, Li diris;
”ilia deziro estos plenumita.” Kaŭze de tiu procio, kiun Báb elektis donaci al ŝi, la edzino de Mírzá Muḥammad-`Alí gravediĝis kaj siatempe naskis knabinon, kiu poste edziniĝis kun la Plej Granda Branĉo,[197] unuiĝo, kiun ŝiaj gepatroj konsideris kiel la plenigon de siaj esperoj.

La altaj honoroj faritaj al Báb plie servis flamigi la malamikecon de la ulemoj de Iṣfáhán. Konsternite ili vidis ĉiuflanke signojn de Lia ĉiotrapentra influo invadanta la fortikaĵon de ortodokseco kaj detruanta iliajn fundamentojn. Ili alvokis kunvenon, ĉe kiu ili eldonis skribitan dokumenton subskribitan kaj sigelitan de ĉiuj ekleziaj ĉefoj de la urbo, kiel mortkondamnon kontraŭ Báb.[198] Ili ĉiuj konsentis pri ĉi tiu kondamno krom ḥájí Siyyid Asadu’lláh kaj ḥájí Muḥammad-Ja`far-i-Ábádiyí, kiuj ambaŭ rifuzis havi rilaton kun la enhavo de tiel senhonte insultema dokumento. La Imám-Jum`ih, kvankam rifuzinte aprobi la mortordonon kontraŭ Báb, estis instigita, pro liaj egaj malkuraĝo kaj ambicio, alskribi al tiu dokumento per sia propra mano la jenan ateston: “Mi atestas, ke dum mia rilato kun ĉi tiu junulo, mi ne povis eltrovi ian agon, kiu iel evidentigus lian malkonfeson pri la doktrinoj de Islámo. Kontraŭe, mi konis lin kiel pian kaj lojalan sekvanton de ĝiaj ordonoj. Tamen, la troeco de liaj pretendoj kaj lia aroganta malestimo kontraŭ aferoj de la mondo, igas min opinii, ke li estas senracia kaj senprudenta.”

Tuj kiam la Mu`tamid sciiĝis pri la kondamno publikigita de la ulemoj de Iṣfáhán, li decidis, pere de plano, kiun li mem elpensis, nuligi la efikon de tiu kruela verdikto. Li tuj ordonis, ke je sunsubiro Báb, akompanata de kvincent rajdistoj el la korpogardistaro de la guberniestro mem, eliru per la urba pordego kaj iru al ṭihrán. Devigaj ordonoj estis donitaj, ke,

---

[195] Vidu Noton K. “Historio de Vojaĝanto”, kaj la verkon de Gobineau, pp. 65-73.

[196] “Estis kiam Muḥammad iăis silenta, ke Mírzá Muḥammad-ḥasan, kiu sekvis la filozofan doktrinon de Mullá ṣadrá, demandis Bábon por instigi Lin klarigi tri miraklojn, kiujn sufiőos mencii por edifi la leganton. La unua estas ṭiyyu’l-Arđ, aů, se oni preferus, tuja translokiăo de iu ajn homo el unu parto de la mondo al alia parto tre malproksima. La ĕianoj konvinkiăis, ke la tria Imám, Javád, elektis tiun facilan kaj ekonomian vojaămanieron. Ekzemple, en momento li translokiăis el Medino en Arabujo al ṭús en Ňľurásán. La dua miraklo estas multobla kaj samtempa őeesto de unu homo őe multaj diversaj lokoj. `Alí ekzemple, en la sama momento estis gastiganto de sesdek diversaj personoj. Fine, la tria esta problemo pri kosmografio, kiun mi antaůmetas antaů niajn astronomojn, kiuj certe ăuos ăin. Estas dirite en la ḥádíoj, ke dum regado de tirano, la őielo turniăas rapide, kvankam dum tiu de Imám ăi turniăas malrapide. Unue, kiel la őielo povus havi du movadojn, kaj due, kion ăi faris dum la regadoj de la `Umayyadoj kaj de la Abbasidoj? La solvon de ői tiuj sensencaŕaőoj oni proponis al Báb. Mi ne skribos plu pri ili, sed mi opinias, ke mi devas nun remarkigi la mensostaton de la kleraj mahometanoj de persujo. Kaj se oni bone pripensus, ke jam de őirkaů mil jaroj la scienco de Íráno dependas nur de similaj sensencaŕoj, kaj ke homoj tute senfortiăas en daůra esploro pri similaj aferoj, oni facile komprenus la vantecon kaj arogantecon de őiuj ői tiuj cerbaŕoj. Tamen, la kunveno estis interrompita per anonco por la vespermanăo, kiun őiuj partoprenis, por ke ili povu reiri hejmen.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, pp. 239-40.)

[197] Aludo al la edziniăo de Munírih Ňľánum kun `Abdu’l-Bahá.

[198] Laů Mírzá `Abu’l-Fađl, őirkaů sepdek eminentaj ulemoj kaj konatuloj sigelis dokumenton, kiu kondamnis Bábon kiel herezulon, kaj kiu deklaris Lin inda je mortpuno.

ĉe la plenumo de ĉiu farsang,[199] cen rajdistoj el ĉi tiu gardistaro reiru tuj al Iṣfáhán. Al la ĉefo de la lastrestonta kontingento, viro, kiun li absolute fidis, la Mu`tamid konfidence sciigis sian deziron, ke, ĉe ĉiu maydán,[200] dudek el la ceteraj cent estu same ordonitaj de li reiri al la urbo. El la dudek restontaj rajdistoj, la Mu`tamid ordonis, ke dek estu senditaj al Ardistán por kolekti la registarajn impostojn, kaj ke la ceteraj, ĉiuj el kiuj estu el liaj spertaj kaj plej fidindaj gardistoj, rekonduku Bábon alivestitan al Iṣfáhán.[201] Plie, ili estis ordonitaj tiel reguligi sian vojiron, ke, antaŭ tagiĝo de la sekvonta tago, Báb estu alveninta al Iṣfáhán kaj estu kondukita ĉe lin. Tiun ĉi planon oni tuj entreprenis kaj bone plenumis. Je nekonata horo Báb reiris en la urbon, estis tuj kondukita al la privata loĝadejo d kla Mu`tamid, konata per la nomo `Imárat-i-Khurshíd,[202] kaj estis enkondukita, per flankenirejo konservita por la Mu`tamid mem, en lian privatan ĉambron. La guberniestro persone servis Bábon, servis Liajn manĝojn, kaj provizis ĉion necesan por Liaj komforto kaj sendanĝereco.[203]

Dume, la plej fantaziaj kojektoj publikiĝis en la urbo rilate al la vojaĝo de Báb al ṭihrán, la suferadoj, kiujn Li devis elporti survoje al la ĉefurbo, la verdikto, kiu estis publikigita kontraŭ  Li, kaj la puno, kiun Li suferis. Ĉi tiuj famoj multe afliktis la kredantojn, kiuj estis loĝangaj en Iṣfáhán. La Mu`tamid, kiu bone sciis iliajn malĝojon kaj maltrankvilon, propetis Bábon pro ili kaj petegis permeson enkonduki ilin en Lian ĉeeston. Báb skribis komunikon per sia propra mano al Mullá `Abdu'l-Karím-i-Qazvíní, kiu ekloĝis en la madrisih de Ním-Ávard, kaj ordonis al la Mu`tamid sendi ĝin al li pere de fidinda sendito. Unu horon poste Mullá `Abdu'l-Karím estis enkondukita en la ĉeeston de Báb. Neniu estis informita pri lia alveno krom la Mu`tamid. Li ricevis de sia Majstro kelkajn el Liaj verkoj, kaj estis ordonita transskribi ilin en kunlaboro kun Siyyid ḥusayn-i-Yazdí kaj Shaykh ḥasan-i-Zunúzí. Al ĉi tiuj li baldaŭ reiris, portante la ĝojigan novaĵon pri la bonfarto kaj sendanĝereco de Báb. El ĉiuj kredantoj loĝadantaj en Iṣfáhán, nur ĉi tiuj tri estis permesitaj vidi Lin.

U tagon, sidante kun Báb en sia privata ĝardeno interne de la korto de sia domo, la Mu`tamid, konfidenciante je sia Gasto, alparolis Lin en la jenaj vortoj: “La plejpotenca Donato havigis al mi grandan riĉaĵon.[204] Mi ne scias, kiel plej bone uzi ĝin. Nun, pro tio, ke mi estis instigita per la helpo de Dio, ekkoni tiun ĉi Revelacion, estas mia fervora deziro konsekri ĉiujn miajn havaĵojn al la antaŭenigo de ĝiaj interesoj kaj la disvstigo de ĝia famo. Estas mia intenco iri, kun Via permeso, al ṭihrán, kaj fari mian eblon allogi al ĉi tiu Afero ŝahon Muḥammad, kies konfido je mi estas forta kaj firma. Mi estas certa, ke li avide akceptos ĝin kaj leviĝos por antaŭenigi ĝin ĉien. Mi ankaŭ penos inklinigi la ŝahon eksigi la malvirtan ḥájí Mírzá Áqásíon, la malsaĝeco de kies administrado preskaŭ alkondukis tiun ĉi landon al la ruinrando. Poste, mi strebos akiri por Vi unu el la fratinoj de la ŝaho, kaj mi mem entreprenos la pretigon de Via edziĝo. Fine, mi esperas, ke mi estos ebligita alklinigi la korojn de la regantoj kaj reĝoj de la tero al ĉi tiu mirindega Afero kaj ekstermi ĉiun restantan postsignon de tiu malbona hierarkio, kiu makulis la puran nomon de Islámo.” “Dio kompensu vin pro viaj noblaj intencoj”, Báb respondis. “Tiel alta celo estas al Mi eĉ pli altvalora, ol la ago mem. Tamen, viaj tagoj kaj la Miaj estas malmultaj; ili estas tro malmultaj por ebligi al Mi vidi, kaj lasi vin atingi, la plenumon de viaj esperoj. Ne per la rimedoj, kiujn vi indulgeme imagas, plenumos plejpotenca Providenco la triumfon de sia kredo. Pere de la malriĉaj kaj malaltaj de ĉi tiu lando, pere de la sango, kiun ili estos verŝintaj sur Lia vojo, certigos la plejpotence Suvereno la konservadon kaj firmigos la fundamenton de sia Afero. Tiu sama Dio, en la venonta ondo, metos sur vian kapon la kronon de eterna gloro kaj superŝutos vin per siaj netakseblaj benoj. El la daŭro de via surtera vivo restas nur tri monatoj kaj naŭ tagoj, post kio, kun fido kaj certeco, vi rapidos al via eterna loĝego.” La Mu`tamid multe ĝojis pro ĉi tiuj vortoj. Rezignita je la volo de Dio, li pretigis sin por la foriro, kiun la vortoj de Báb tiel klare antaŭsignis. Li skribis sian testamenton, saldis siajn privatajn aferojn, kaj testamentis ĉion, kion li posedas, al Báb. Tamen, tuj post lia morto lia nevo, la gajnavida Gurgín Khán, eltrovis kaj detruis lian testamenton, ekprenis lian havaĵon, kaj malestime ignoris liajn dezirojn.

Dum la tagoj de sia surtera vivo estis ekfiniĝanta, la Mu`tamid pli kaj pli petis la ĉeeston de Báb, kaj dum siaj horoj de intima kuneco kun Li, akiris pli profundan komprenon pri la spirito, kiu vivigis Lian Kredon. “Dum la horo de mia foriro alproksimiĝas,” li diris unu tagon al Báb, “mi sentas nedifineblan ĝojon trapenetrantan mian animon. Sed mi antaŭtimas pro Vi, mi tremas je la penso, ke mi devos lasi Vin al la senfavoreco de tiel senkompata posteulo kiel Gurgín Khán. Li sendube eltrovos Vian ĉeeston ĉe tiu ĉi hejmo, kaj mi timas, ke li dolorige agos kontraŭ Vi.” “Ne timu,” protestis Báb; “Mi konfidis Min en la manojn de Dio. Mia fido estas je Li. Tiel estas la potenco, kiun Li donis al Mi, ke,

---

199 Vidu la Glosaron.

200 Vidu la Glosaron.

201 Laů “Historio de Vojaǎanto” (p.13), la Mu`tamid sekrete ordonis, ke, kiam Báb atingos Múrčľih-Ňľáron (la dua haltejo de Iṣfáhán sur la norda vojo, őe distance de őirkaů 35 mejloj de tie), Li reiru al Iṣfáhán.

202 “Tiamaniere ői tiu apartamento (en kiu Mi trovas Min), kiu havas nek pordojn nek limojn difinitajn, estas hodiaů la plej alta el la őambroj de Paradizo, őar la arbo de vero tie loǎas. Estis kvazaů őiuj atomoj de ői tiu őambro kantas unuvoőe: »Vere! Mi estas Dio! Ne estas alia Dio krom Mi, la Sinjoro de őio.« kaj ili kantas super őiuj őambroj de la tero, eő super tiuj, kiuj estas ornamitaj per speguloj aů ornamoj de oro. Tamen, se la arbo de vero estas en unu el ői tiuj ornamitaj őambroj, tiam la atomoj de tiuj speguloj kantas tiun ői frazon, kiel faris kaj faros la atomoj de la speguloj de la Plaaco Ṣadrí, őar en la tempo de Ṣád (Iṣfáhán) Li goǎis tie.” (“La Persa Bayán”, vo.1, p.128.)

203 Laů la “Historio de Vojaǎanto”, p. 13, Báb restis kvar monatojn en tiu domo.

204 “La 4an de marto 1847, s-ro de Bonniere skribis al la Ministro de Eksterlandaj Aferoj de Fancujo: »Mu`tamidu'd-Dawlih, guberniestro de Iṣfáhán ŕus mortis, lasinte riőaŕon, kiun oni taksas je 40 milionoj de frankoj«” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p. 242, noto 192.)

se estus Mia deziro, mi kapapblas ŝanĝi eĉ tiujn ĉi ŝtonojn en gemojn de netaksebla valoro, kaj inspiri en la koron de la plej malbonega krimulo la plej altajn konceptojn de justeco kaj servado. Memvole Mi elektis esti afliktata de Miaj malamikoj, »por ke Dio povu plenumi la destinitan plenumotaĵon.«”[205] Dum tiuj altvaloraj horoj pasis, sento de subiga sindono, de pli forta konscio pri proksimeco al Dio, plenigis la koron de la Mu`tamid. En liaj okuloj la pompo kaj parado de la mondo fariĝis sensignifaj kompare al la eternaj realaĵoj ameme konservataj en la Revelacio de Báb. Lia vizio pri ĝia senlima potencio kaj ĝiaj nekalkuleblaj benoj, pliviviĝis dum li pli kaj pli konstatis la vantecon de surtera ambicio kaj la limojn de homa penado. Li daŭre pripensis tiujn ĉi pensojn en sia koro, ĝis la tempo, kiam malgranda febratako, kiu daŭris nur unu nokton, subite finis lian vivon. Serena kaj konfida li forflugis al la Granda Superejo.[206]

Dum la vivo de la Mu`tamid estis ekfiniĝanga, Báb alvokis al si Siyyid ḥusayn-i-Yazdíon kaj Mullá `Abdu’l-Karímon, sciigis al ili la karakteron de sia antaŭdiro al sia gastiganto, kaj ordonis ilin, ke ili diru al la kredantoj, kiuj estis amasiĝintaj en la urbon, ke ĉi tiuj disiĝu ĉien tra Káshán, Qum kaj ṭihrán, kaj atendu kion aljn providenco en sia saĝeco elektos dekreti.

Kelkajn tagojn post la morto de la Mu`tamid, certa persono, kiu sciis pri la ruzo, kiun tiu elpensis kaj plenumis por la protektado de Báb, informis ties posteulon, Gurgín Khán,[207] pri la efektiva loĝadejo de Báb en la `Imárat-i-Khurshíd, kaj priskribis al li la honorojn, per kiuj lia antaŭulo superŝutis sian Gaston en la privateco de sia propra hejmo. Je ricevo de ĉi tiu neatendita novaĵo, Gurgín Khán sendis sian senditon al ṭihrán kaj ordonis al li transdoni persone la jenan komunikon al ŝaho Muḥammad: “Antaŭ kvar monatoj estis ĝenerale opiniate en Iṣfáhán, ke, sekve de la imperiestra alvoko de Via Reĝa Moŝto, la Mu`tamidu’d-Dawlih, mia antaŭulo, sendis Siyyid-i-Bábon al la sidejo de la registaro de Via Reĝa Moŝto. Estas nun malkaŝite, ke ĉi tiu sama siyyid estas efektive okupanta la `Imárat-i-Khurshídon, la privata loĝadejo de la Mu`tamidu’d-Dawlih. Estas eltrovite, ke mia antaŭulo mem transdonis la gastamecon de sia hejmo al Siyyid-i-Báb kaj diligente gardis tiun sekreton kaj de la loĝantoj kaj de la estroj de ĉi tiu urbo. Kion ajn plaĉos al Via Reĝa Moŝto dekreti, tion mi senhezite promesas plenumi. “

La ŝaho, kiu estis firme konvikita pri la lojaleco de la Mu`tamid, komprenis, kiam li ricevis tiun ĉi komunikon, ke la sincera intenco de la mortinta guberniestro estis atendi favoran okazon, kiam li povos aranĝi rendevuon inte li kaj Báb, kaj ke lia neatendita morto interrompis la plenumon de tiu plano. Li eldonis imperiestran mandaton, kiu alvokis Bábon al la ĉefurbo. En sia skribita komuniko al Gurgín Khán, la ŝaho ordonis al li, ke li sendu Bábon alivestitan, akompanatan de rajdistaro[208] estrata de Muḥammad Big-i-Chápárchí[209] el la sekto `Alíyu’lláhí, al ṭihrán, ke li elmontru la plejan indulgon al Li dum Lia vojaĝo; kaj ke li severe gardu la sekretecon de Lia foriro.[210]

Gurgín Khán iris tuj al Báb kaj trnasdonis al Li la skribitan mandaton de la suvereno. Tiam li alvokis Muḥammad Bigon, transdonis al li la ordonojn de ŝaho Muḥammad, kaj ordonis al li entrepreni tujajn pretigojn por la vojaĝo. “Atentu” li avertis lin, “por ke neniu eltrovu lian identecon nek suspektu la karakteron de via misio. Neniu krom vi, eĉ ne la anoj de lia eskortaro, estu permisita rekoni lin. Se iu demandos vin pri li, diru, ke li estas komercisto, kiun ni laŭordone estas kondukantaj al la ĉefurbo, kaj kies identecon ni tute ne scias.” Baldaŭ post noktomezo Báb, laŭ tiuj instrukcioj, eliris el la urbo kaj iris al ṭihrán.

## *Ĉapitro XI*
## *La Restado de Báb en Káshán*

En la verspero antaŭ la alveno de Báb al Káshán, ḥájí Mírzá Jání, alnomita Parpá, konata loĝanto de tiu urbo, sonĝis, ke li estas staranta, je malfrua horo posttagmeze, ĉe la pordego `Aṭṭár, unu el la urbaj poregoj, kiam liaj okuloj subite vidis Bábon surĉevalan, portantan, anstataŭ sian kutiman turbanon, kuláhon,[211] kiun la persaj komercistoj kutime portas. Antaŭ Li, kiel ankaŭ post Li, marŝis rajdistaro, kiu ŝajne estis gardanta Lin. Dum ili alproksimiĝis al la pordego, Báb salutis lin kaj diris: “ḥájí Mírzá Jání, Ni estos via Gasto dum tri nokotj. Pretiĝu akcepti Nin.”

Kiam li vekiĝis, la vivovereco de lia sonĝo konvinkis lin pri la realeco de lia vizio. Ĉi tiu neatendita aperaĵo antaŭsignis por li dian averton, kiun li sentis sin devigita priatenti kaj plenumi. Li do ekpretigis sian domon por la akcepto de la Vizitonto, kaj ekprovizis ĉion, kio ŝajnis esti necesa por Lia komforto. Tuj kiam li plenumis la preparajn aranĝojn por la festeno, kiun li decidis proponi al Báb en tiu nokto, ḥájí Mírzá Jání iris al la pordego `Aṭṭár kaj tie atendis signojn de la

---

[205] Korano, 8:42.

[206] Li mortis, laů E.G. Browne (“Historio de Vojaăanto”, noto L, p.277), en la monato Rabí`u’l-Avval de la jaro 1263 p.h. (Feb.-Marto, 1847 p.Kr.)

[207] Laů “Historio de Vojaăanto”, p.13, li estis nevo de la Mu`tamid.

[208] Laů “Historio de Vojaăanto”, p. 14, la anoj de la eskorto estis Nuṣayraj rajdistoj. Vidu noton 1, p.14.

[209] “Čľápárčľí” signifas “kuriero”.

[210] “Ői tiu, ege kaprica, forgesante, ke antaů nelonge li ordonis la mortigon de la Reformanto, sentis naski en si deziron fine vidi la homon, kiu ekscitis tian intereson; sekve, li ordonis al Gurgín Ňľán, ke li sendu Lin al ṭihrán.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p.242.)

[211] Vidu la Glosaron.

atendata alveno de Báb. Je la difinita horo, elesplorante la horizonton, li ekvidis malproksime tion, kio al li ŝajnis esti rajdistaro alproksimiĝanta al la urba pordego. Rapidante renkonti ilin, lliaj okuloj ekkonis Bábon ĉirkaŭatan de Lia eskorto, vestitan en la samaj vestoj kaj elmontrantan la saman vizaĝesprimon, kiujn li vidis la pasintan nokton en sia sonĝo. Ḥájí Mírzá Jání ĝoje alproksimiĝis al Li kaj kliniĝis por kisi Liajn piedigojn. Báb haltigis lin, dirante, "Ni estos via Gasto dum tri noktoj. Morgaŭ estos Naw-Rúz; ni solenos ĝin kune en via hejmo." Muḥammad Big, kiu estis rajdanta proksime al Báb, opiniis, ke Li estas intima konatulo de Ḥájí Mírzá Jání. Turnante sin al li, li diris: "Mi estas preta plenumi ĉion, kio estas la deziro de Siyyid-i-Báb. Tamen, mi petus vin akiri aprobon de mia kolego, kiu dividas kun mi la respondecon konduki Siyyid-i-Bábon al Ṭihrán." Ḥájí Mírzá Jání antaŭmetis lian peton kaj ricevis decidan rifuzon. "Mi malakceptas vian sugeston," oni diris al li. "Oni plej emfaze ordonis al mi, ke mi ne permesu al ĉi tiu junulo eniri ian ajn urbon antaŭ lia alveno al la ĉefurbo. Oni precipe ordonis al mi, ke mi pasigu la nokton ekstere de la urba pordego, ke mi haltigu mian marŝon je sunsubiro, kaj ke mi rekomencu ĝin en la proksima tago je tagiĝo. Mi ne povas deflankiĝi de la ordonoj donitaj al mi." Tio ĉi kaŭzis flaman disputon, kiu estis fine decidita favore al Muḥammad Big, kiu sukcesis inklinigi sian kontraŭulon konfidi Bábon en la gard*on de Ḥájí Mírzá Jání, kun difinita interkonsento, ke en la tria mateno li sendifekte rekonduku sian Gaston al ili. Ḥájí Mírzá Jání, kiu intencis inviti ĉe si la tutan eskorton de Báb, estis konsilita de Li forlasi tiun ĉi intencon. "Neniu krom vi," Li instigis, "akompanu Min al via hejmo." Ḥájí Mírzá Jání petis permeson pagi la elspezon de la tritaga restado de la rajdistaro en Káshán. "Ne necesas," rimarkigis Báb; "se ne estus pro Mia volo, tute nenio povus inklinigi ilin konfidi Min al vi. Ĉio estas entenata en la premteno de Lia potenco. Nenio estas neebla al Li. Li forigas ĉiun malfacilaĵon kaj venkas ĉiun malhelpon." La rajdistoj estis enloĝigitaj en karavanan loĝejon en la apuda ĉirkaŭaĵo de la urba pordego. Muḥammad Big, sekvante la instrukciojn de Báb, akomanis Lin ĝis ili alproksimiĝis al la domo de Ḥájí Mírzá Jání. Sciiĝinte pri la efektiva loko de la domo, li reiris kaj kuniĝis kun siaj kunuloj.

La nokto, en kiu Báb alvenis al Káshán, koincidis kun la antaŭvespero antaŭ la tria Naw-Rúz post la deklaro de Lia Misio, kiu okazis la duan tagon de la monato Rabí`u'th-Thání, en la jaro 1263 p.H.[212] En tiu sama nokto, Siyyid Ḥusayn-i-Yazdí, kiu jam antaŭe venis al Káshán laŭ la ordonoj de Báb, estis invitita al la domo de Ḥájí Mírzá Jání kaj enkondukita en la ĉeeston de sia majstro. Báb estis diktanta al li Tabuleton je honoro de sia gastiganto, kiam alvenis amiko de ĉi tiu, certa Siyyid `Abdu'l-Báqí, kiu estis konata en Káshán pro sia klereco. Báb invitis lin eniri, permesis al li aŭdi la versojn, kiujn Li estis revelacianta, sed rifuzis malkŝi sian identecon. En la fermaj frazoj de la Tabuleto, kiun Li estis skribanta al Ḥájí Mírzá Jání, Li preĝis pro li, petegis la Plejpotenculon lumigi lian koron per la lumo de Dia scio, kaj malligi lian langon por servado al kaj proklamado de sia Afero. Kvankam needukita kaj neklera, tamen Ḥájí Mírzá Jání povis pro ĉi tiu preĝo impresi per siaj vortoj eĉ la plej kleran teologon de Káshán. Dotiĝis al li tia potenco, ke li kapablis silentigi ĉiun vanan pretendanton, kiu kuraĝis kontraŭi la instruojn de lia Kredo. Eĉ la fierega kaj ordonema Mullá Ja`far-i-Naráqí, malgraŭ sia supera elokventeco, ne kapablis rezisti la forton de lia rezonado, kaj devis konfesi ekstere la meritojn de la Afero de sia kontraŭulo, kvankam kore li rifuzis kredi je ĝia vereco.

Siyyid `Abdu'l-Báqí sidis kaj aŭskultis al Báb. Li aŭdis Lian voĉon, observis Liajn movojn, rigardis Lian vizaĝesprimon, kaj atentis la vortojn, kiuj fluis senĉese el Liaj lipoj, kaj tamen ne estis kortuŝita de iliaj majesto kaj potenco. Envolvita en la vualoj de siaj propraj vanaj kaprico kaj klereco, li ne povis estimi la signifon de la eldiroj de Báb. Li eĉ ne penis demandi la nomon aŭ la karakteron de la Gasto, en kies ĉeeston oni kondukis lin. Nekortuŝita de tio, kion li aŭdis kaj vidis, li foriĝis el tiu ĉeesto, nesciante la unikan okazon, kiun, pro sia patio, li neretroveble perdis. Kelkajn tagojn poste, informita pri la nomo de la Junulo, kiun li traktis kun tia senatenta indiferenteco, li fariĝis ĉagrena kaj pentoplena. Tamen, estis tro malfrue, por ke li serĉu Lian ĉeeston kaj pardonpetu pri sia konduto, ĉar Báb jam forlasis Kánshánon. En sia malĝojo li forlasis la socion de siaj kunhomoj, kaj ĝis sia vivofino li vivis en seninterrompa soleco.

Inter tiuj, kiuj estis privilegiitaj konatiĝi kun Báb en la hejmo de Ḥájí Mírzá Jání, estis viro nomita Mihdí, kiu estis destinita poste, en la jaro 1268 p.H.[213] suferi martirecon en Ṭihrán. Li kaj kelkaj aliaj, dum tiuj tri tagoj, estis korinkline gastigataj de Ḥájí Mírzá Jání, kies malŝparema gastameco gajnis por li la laŭdon kaj de lia Majstro. Eĉ al la anoj de la eskorto de Báb li elmontris la saman bonkorecon, kaj per siaj malavareco kaj ĉarma sintenado li gajnis ilian daŭran dankemon. La matenon de la dua tago post Naw-Rúz, atentema pri sia promeso, li konfidis la Malliberulon al ili, kaj, kun koro plenega de malĝojo, diris al Li finan kaj kortuŝan adiaŭon.

## *Ĉapitro XII*
## *La Vojaĝo de Báb el Káshán al Tabríz*

Akompanata de sia eskorto, Báb iris al Qum.[214] Lia ĉarmo, kune kun devigema digno kaj daŭra bonvolo, jam tute senarmigis kaj transformis Liajn gardistojn. Ŝajnis kvazaŭ ili abdikis ĉiujn siajn rajtojn kaj devojn kaj rezignis sin al Liaj volo kaj plaĉo. En sia avido servi kaj plaĉi al Li, ili unu tagon diris: "Estas severe malpermesite al ni de la registaro

---

[212] 1847 p.Kr.

[213] 1851-2 p.Kr.

[214] La loko de la dua plej sankta sanktejo en Persujo, kaj la tombejo de multaj el ăiaj reăoj, inter ili Fatḥ-`Alí kaj ĕaho Muḥammad.

lasi Vin eniri en la urbon Qum, kaj ni estas ordonitaj iri per malofte uzata vojo rekte al ṭihrán. Oni precipe ordonis al ni deturni nin de la ḥaram-i-Ma`súmih[215] tiu neperfortebla sanktejo, en kies rifuĝejo la plej malbonfamaj krimuloj sekuriĝas de aresto. Tamen, ni estas pretaj tute ignori pro Vi kiajn ajn instukciojn ni estas ricevintaj. Se estas Via deziro, ni senhezite kondukos Vin tra la statojn de Qum kaj ebligos al Vi viziti ĝin sanktejon." "»La koro de la vera kredanto estas la trono de Dio,« rimarkigis Báb. "Tiu, kiu estas la rifuĝego de savado jak la nekaptebla fortikaĵo de la Plejpotenculo estas nun vojaĝanta kun vi tra ĉi tiu dezerto. Mi preferas la kamparan vojon, ol eniri en tiun ĉi malsanktan urbon. La purulino, kies kadavro estas enterigita interne de ĉi tiu sanktejo, ŝia frato, kaj ŝiaj famegaj prapatroj sendube priploras la staton de ĉi tiu malvirta popolo. Per la lipoj ili ĵuras fidelon al ŝi; per siaj agoj ili superŝutas ŝian nomon per malhonoro. Ekstere ili servadas kaj erespektegas ŝian sanktejon; interne ili malhonoras ŝian dignon."

Tiaj altaj esprimoj inspiris tian certecon en la korojn de tiuj, kiuj akompanis Bábon, ke, se Li iam ajn estus elektinta subite deturni sin kaj forlasi ilin, neniu inter Liaj gardistoj estus sentinta sin malkvieta aŭ estus privinta postsekvi Lin. Irinte per voje, kiu limtuŝas la nordan parton de la urbo Qum, ili haltis ĉe la vilaĝo Qumrúd, posedaĵo de parenco de Muḥammad Big, kaj kies loĝantoj ĉiuj apartenis al la sekto `Allíyu'lláhí. Ĉe invito de la vilaĝestro Báb restis unu nokton en tiu loko kaj kortuŝiĝis pro la varmeco kaj spontaneeco de la akcepto, kiun tiuj simplaj homoj faris al Li. Antaŭ ol Li rekomencis sian vojaĝon, Li alpreĝis pro ili la benojn de la Plejpotenculo kaj koraĝigis iliajn korojn per certigoj de siaj estimo kaj amo.

Post dutaga vojirado el tiu vilaĝo, ili alvenis, posttagmeze de la oka tago post Naw-Rúz, al la fortikaĵo Kinár-Gird,[216] kiu kuŝas ses farsangojn sude de ṭihrán. Ili intencis atingi la ĉefurbon en la sekvonta tago, kaj jam decidis pasigi la nokton en la apudeco de tiu fortikaĵo, kiam sendito neatendite alvenis el ṭihrán, portante skribitan ordonon de ḥájí Mírzá Áqásí al Muḥammad Big. Tiu komuniko ordonis al li iri tuj kun Báb al la vilaĝo Kulayn,[217] kie Shaykh-i-Kulayní, Muḥammad-ibn-i-Ya`qúb, aŭtoro de la Usúl-i-Káfí, kiu naskiĝis en tiu loko, estis enterigita apud sia patro, kaj kies sanktejoj estas ege honorigitaj de la loĝantoj de tiu ĉirkaŭaĵo.[218] Pro la malkonveneco de la domoj en tiu vilaĝo, oni ordonis al Muḥammad Big starigi specialan tendon por Báb kaj loĝigi la eskorton apude ĝis ricevo de pluaj instrukcioj. Matene de la naŭa tago post Naw-Rúz, la dekunuan tagon de la monato Rabí`u'th-Thání, en la jaro 1263 p.H.,[219] en la apuda proksimeco de tiu vilaĝo kiu apartenis al ḥájí Mírzá Áqásí, tendo, kiu servis por li mem, kiam ajn li kutimis viziti tiun lokon, estis starigita por Báb sur deklivo de monteto agrable kuŝanta inter larĝaj etendaĵoj de fruktarbejoj kaj ridetantaj herbejoj. La trankvileco de tiu loko, la abundeco de ĝia vegetaĵaro, kaj la senĉesa murmuro de ĝiaj riveretoj ege plaĉis al Báb. Du tagojn poste kuniĝis kun Li Siyyid ḥusayn-i-Yazdí, Siyyid ḥasan, lia frato; Mullá `Abdu'l-Karím, kaj Shaykh ḥasan-i-Zunúzí, kiuj estis ĉiuj invititaj loĝi en la apuda ĉirkaŭaĵo de Lia tendo. En la dekkvara tago de la monato Rabí`u'th-Thání,[220] la dekduan tagon post Naw-Rúz, Mullá Mihdíy-i-Khu'í kaj Mullá Muḥammad-Mihdíy-i-Kandí alvenis el ṭihrán. Ĉi-lasta, kiu intime kunestis kun Bahá'u'lláh en ṭihrán, estis komisiita de Li doni al Báb sigelitan leteron kune kun certaj donacoj, kiuj, tuj kiam ili estis transdonitaj al Li ekscitis en Lia animo senton de profundega feliĉo. Lia vizaĝo brilis pro ĝojo dum Li superŝutis la senditon per signoj de siaj dankemeco kaj favoro.

Tiu komuniko, ricevita je horo de ega necerteco, donis konsolon kaj forton al Báb. Ĝi dispelis la mallumon, kiu premis Lian koron, kaj inspiris Lian animon per certeco de venko. La malĝojo, kiu longe restis sur Lia vizaĝo, kaj kiun la danĝeroj de Lia kaptiteco emis pliigi, videvle malpliiĝis. Li ne verŝis plu tiujn angorajn larmojn, kiuj fluis tiel senĉese el Liaj okulouj de la tagoj de Liaj aresto kaj foriro el Shíráz. La ekkrio "Amato, Mia Plejamato", kiun en siaj malĝojo kaj soleco Li kutimis eldiri, cedis al esprimoj de danko kaj laŭdo, de espero kaj triumfo. La ĝojego, kiu brilis sur Lia vizaĝo, neniam forlasis Lin ĝis la tago, kiam la novaĝo pri la granda malfeliĉego, kiu okazis al la herooj de Shaykh ṭabarsí, denove nuboplenigis la brilecon de Lia vizaĝo kaj malpliigis la ĝojon de Lia koro.

Mi aŭdis Mullá `Abdu'l-Karímon rakonti la jenan okazaĵon: "Miaj kunuloj kaj mi estis dormegantaj proksime al la tendo de Báb, kiam ĉevalaj piedfrapoj subite vekis nin. Oni baldaŭ informis nin, ke la tendo de Báb estas vaka, kaj ke tiuj, kiuj eliris por serĉi Lin, malsukcesis trovi Lin. Ni aŭdis Muḥammad Bigon protesti al la gardistoj. »Pro kio maltrankviliĝi?« li petegis. »Ĉu Liaj grandanimeco kaj noblanimeco ne estas por vi sufiĉe elpruvitaj por konvinki vin, ke neniam pro sia propra sendanĝereco Li konsentos impliki aliajn en embarason? Li sendube foriĝis, en la silento de ĉi tiu lunbrila nokto, al loko, kie Li povas serĉi trankvile konunion kun Dio. Li sendube revenos al sia tendo. Li neniam forlasos nin.« En sia avido trankviligi siajn kolegojn, Muḥammad Big ekpiediris laŭlonge de la voje kondukanta al ṭihrán. Mi ankaŭ kun miaj kunuloj sekvis lin. Baldaŭ poste, oni vidis la ceterajn gardistojn, ĉiun rajdantan, vojirantajn

---

[215] "En Qum estas enterigita la kadavro de lia (de Imám Riđá) fratino, Fáṭimiy-i-Ma`súmih, t.e., la purulino, kiu, laů unu historio, vivis kaj mortis tie frkurinte el Bařľdád por eviti la persekuton de la Ňľalífoj; laů alia, ěi malsaniăis kaj mortis en Qum survoje al ṭús por vidi sian fraton. Siaflanke, laů la piaj ěianoj, li revizitadas ěin őiuvendrede el sia sanktejo en Mašľhad." ("Persujo kaj la Persa Problemo", de Lord Curzon, vo.2, p.8.)

[216] Haltejo sur la malnova voje Iṣfáhána, őirkaů 28 mejlojn de ṭihrán. ("Historio de Vojaăanto", p.14, noto 2.)

[217] Vidu "Historio de Vojaăanto", p. 14, noto 3.

[218] Pro disfamiăo fariăis neeble plenumi la ordonon de la őefministro ḥájí Mírzá Áqásí. De Iṣfáhán ăis ṭihrán oni parolis nur pri la maljustego de la ekleziularo kaj de la registaro rilate al Báb; őie oni grublis, oni protestis la maljustecon." (Jurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.355.)

[219] 29. Marto, 1847 p. Kr.

[220] 1. Aprilo, 1847 p.Kr.

malantaŭ ni. Ni jam vojaĝis ĉirkaŭ maydánon,[221] kiam, en la malforta lumo de frua tagiĝo, ni vidis de malproksime Bábon solecan. Li estis alvenanta el la direkto de ṭihrán. »Ĉu vi opiniis, ke Mi forkuris?« estis Liaj vortoj al Muḥammad Big dum Li alproksimiĝis al li. »Tute ne estu«, estis la tuja respondo, dum li ĵetis sin ĉe la piedojn de Báb, »ke mi pensu tiajn pensojn.« Muḥammad Big estis tro multe timfrapita per la serena majesto, kiun tiu brila vizaĝo elmontris en tiu mateno, por kuraĝi plue diri. Esprimo de konfidenco lumigis la vizaĝon de Báb, Liaj vortoj estis plenaj de tiel superega potenco, ke sento de profunda respekto envolvis niajn animojn. Neniu kuraĝis demandi al Li la kaŭzon de tiel remarkinda ŝanĝo en Liaj parolmaniero kaj sintenado. Nek Li mem elektis kontentigi niajn scivolon kaj miron."

Dusemajnon[222] Báb restis en tiu loko. La trankvilo, kiun Li ĝuis en tiu bela loko, estis subite interrompita pro ricevo de letero, kiun ŝaho Muḥammad[223] mem skribis al Báb, kaj kiu estis verkita en la jenaj vortoj:[224] "Kvankam ni tre deziras konatiĝi kun vi, tamen fariĝas neeble,pro nia tuja foriro el nia ĉefurbo, dece akcepti vin en ṭihrán. Ni konigis nian deziron, ke oni konduku vin al Máh-Kú, kaj eldonis la necesajn instrukciojn al `Alí Khán, gardistestro de la kastelo, ke li traktu vin kun respekto kaj indulgo. Estas niaj espero kaj intenco alvoki vin tien ĉi post nia reveno al nia registara sidejo, ĉe kiu tempo ni difinite eldiros nian juĝon. Ni esperas, ke ni kaŭzis al vi nenian ĉargrenon, kaj ke vi neniam hezitos informi nin se iaj plendindaĵoj okazos al vi. Ni tre esperas, ke vi daŭros preĝi por nia bonfarto kaj por la prospero de nia regno." (Datita Rabí`u'th-Thání, 1263 p.H.[225]

ḥájí Mírzá Áqásí[226] estis sendube respondeca pri tio, ke li inklinigis ŝahon Muḥammad skribi tian komunikon al Báb. Li estis influita sole de timosento,[227] por ke la projektata intervjuo ne rabu de li lian rangon de senduba supereco en la

---

[221] Vidu la Glosaron.

[222] Laŭ "Historio de Vojaĝanto", (p.14), Báb restis en la vilaĝo Kulayn dum dudek tagoj.

[223] "Ĉaho Muḥammad" skribas Gobineau, "estis princo de tia tute individua karaktero, kian oni ofte trovas en Azio, sed kian la Eŭropanoj malofte vidas kaj des pli malofte komprenas. Kvankam li regis dum tempo, kiam la kutimoj de la loka politiko estis ankoraŭ sufiĉe severaj, tamen li estis malsevera kaj tolerema, kaj lia pacienco etendiĝis ĝis tio, ke li kvietege toleris la konfuzon en sia haremo, kiu tamen iom rajtus kolerigi lin; ĉar eĉ dum la regardo de ĉaho Fatḥ-`Alí, la senzorga malsevereco kaj la fantazia kaprico neniam estis tiel multe permesataj. Oni atribuas al li la jenan esprimon, inda je nia 18a jarcento: »Ĉu vi ne estu iomete diskreta, sinjorino? Mi ne deziras deteni vin de amuziĝo.« Sed por li tio ne estis pro indiferenteco, estis pro laciĝo kaj enuo. Lia sano estis ĉiam plendindega; tutgrade podagra, li suferis pro daŭraj doloroj kaj apenaŭ povis malstreĉiĝi. Lia karaktero, kompreneble malforta, fariĝis tre melankolia, kaj, ĉar li tre bezonis amon kaj apenaŭ trovis tian senton inter sia familio, ĉe siaj edzinoj, ĉe siaj geinfanoj, li koncentrigis sian tutan amon en la maljunan Mulláon, lia guvernisto. Li faris lin sia sola amiko, sia konfidenculo, poste sia unua kaj tutpotenca ĉefministo, kaj fine, ne estas troige diri, sia dio. Edukita de tiu idolo pri tre senrespektaj ideoj kontraŭ Islámo, li ankaŭ fariĝis tiel senatenta rilate al la dogmoj de la profeto, kiel la la Profeto mem. La Imámoj estis tre indiferentaj por li, kaj, se li ja havis ian respekton por `Alí, estis pro tiu strangeta kutimo, per kiu la persoj identigas tiun respektegindan eminentulon kun sia nacieco. Sed, ĉiel konsiderate, ĉaho Muḥammad ne estis pli bona mahometano, ol li estis kristano, zoroastrano aŭ judo. Li tute kredis, ke la dia esenco tutpotence enkorpiĝis en la Saĝulojn, kaj ĉar li konsideris ḥájí Mírzá Áqásíon kiel la plejsuperan Saĝulon, li ne dubis, ke li estas Dio, kaj pie petis ian mirindegaĵon de li. Ofte li okaze diris al siaj oficiroj kun profundaj fervoro kaj konvinko, »La ḥájí promesis al mi miraklon por ĉi tiu vespero, vi vidos!« Ekster la ḥájí, ĉaho Muḥammad sentis do eksterordinaran indiferentecon pri la sukceso aŭ malsukceso de tiu aŭ tiu religia doktrino; plaĉis al li, kontraŭe, vidi, kiel pligrandiĝis konfliktoj de opinioj, kiuj signis al li universalan blindecon." (Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.131-2.

[224] Laŭ "Historio de Vojaĝanto", (p.14), Báb "transsendis leteron al la Reĝa Ĉeesto, petantan aŭdiecon por klarigi la veron de sia stato, atendante, ke tio estos perilo por atingo de grandaj avantaĝoj." Rilate al ĉi tio letero, Gobineau skribas jene: "`Alí-Muḥammad mem skribis al la Kortego, kaj Lia letero alvenis samtempe kun la akuzoj de siaj malamikoj. Neniel prenante sur sin atakeman sintenadon kontraŭ la reĝo, sed kontraŭe, konfidante je liaj aŭtoritato kaj justeco, Li admonis, ke de longe la malvirteco de la ekleziularo en Persujo estas konata de ĉiu; ke ne nur la bonmoroj estas malvirtigitaj kaj la bonfarto de la lando tute frapita, sed plue, ke la religio mem, malbonigita per la pekoj de tiel multaj kulpuloj, estas en granda danĝero malaperi kaj lasi la popolon en plej bedaŭrinda mallumo; kaj, rilate al si, pro speciala misio vokota de Dio forigi tiajn malfeliĉojn, Li jam komencis klarigi al la homoj de Fárs, ke la ĝusta doktrino faris plej evidentan kaj plej rapidan progreson, ke ĉiuj ĝiaj malamikoj estas konfuzitaj kaj jam nun vivas en publikaj senpotenco kaj malestimo; sed ke tio estas nur komenco, kaj ke Báb, konfideme je la grandanimeco de la geĝo, petas permeson veni en la ĉefurbon kun siaj ĉefaj disĉiploj, kaj tie aranĝi konferencojn kun ĉiuj Mulláoj de la Imperio, en la ĉeesto de la suvereno, de la altranguloj kaj de la popolo; ke Li certe hontigus ilin; Li pruvus al ili ilian malfidelon; Li trudsilentigus ilin kiel Li faris rilate al Mulláojn grandajn kaj malgrandajn, kiuj aspiris kontraŭi Lin; ke, se Li estos kontraŭdite venkita en ĉi tiu disputo, Li antaŭpromesas cedi al ĉio, kion la reĝo ordonus, kaj estos preta perdi sian kapon kaj tiujn de ĉiuj siaj amikoj." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p. 124.)

[225] 19 Marto – 17 Aprilo, 1847 p.Kr.

[226] Laŭ Hidáyat en la "Majma`u'l-Fuṣaḥá'", la nomo de ḥájí Mírzá Áqásí estis `Abbas-`Alí. Li estis filo de Mírzá Mulsim, unu el la konataj ekleziuloj de Íraván. La filo, `Abbás-`Alí, estis lernanto en Karbilá de Faĥl'ru'd-Dín, `Abdu'ṣ-ṣamad-i-Hamadání. El Karbilá li iris al Hamadán, vizitis Áďl'irbáyjánon, kaj el tie entreprenis pilgrimadon al Mekko. Reirante malriĉega al Áďl'irbáyján, li sukcesis iom post iom plibonigi sian staton, kaj fariĝis guvernisto de la infanoj de Mírzá Músá Ňl'án, frato de la mortinta Mírzá Abu'l-Qásim, la Qá'im-Maqám. Muḥammad Mírzá, al kiu li anoncis lian konsekvencan aliron al la trono de Persujo, estis ege sindona al li. Fine ĉi tiu estis elektita kiel ĉefministro, kaj post la morto de la monarko li retiris sin al Karbilá, kie li mortis en Ramađán, 1265 p.H. (Notoj de Mírzá Abu'l-Fađl.) Laŭ la historio de ḥájí Mu`ínu's-Salṭanih (p.120), ḥájí Mírzá Áqásí naskiĝis en Máh-Kú, kie liaj gepatroj estis loĝantaj post sia foriro el Íraván, en Kaŭkazo. ḥájí Mírzá Áqásí, naskiĝinto de Íraván atingis senliman influon super sian mense malsanan majstron, antaŭe lia guvernisto, kaj publike konfesis sufanan doktrinon. Stranga maljunulo li estis, kun longa nazo, kies vizaĝo antaŭmontris la strangecon kaj arogantecon de lia karaktero." ("Ĝenerala Skizo pri la Historio de Persujo", de C.R.Markham, p.473) "La ḥájí siaflanke estis speciala speco de dio. Ne estas absolute certe, ke li mem kredis pri si tion, pri kio ĉaho Muḥammad konvinkiĝis. Ĉiuokaze, li malkaŝe deklaris la samajn ĝeneralajn principojn, kiujn deklaris la reĝo, kaj fidele enradikigis ilin en lin. Sed tio ne malhelpis, ke li ĉercego. La ĉercego estis la sistemo, la regulo, la kutimo de lia konduto kaj de lia vivo. Li konsideris nenion serioza, komencante de si: »Mi ne estas ĉefministro,« li daŭre ripetis, precipe al tiuj, kiujn li malbone traktis; »mi estas maljuna mullá, sen deveno kaj sen merito, kaj se me trovas min tie, kie mi estas, estas pro tio, ke la reĝo deziris ĝin.« Li neniam parolis pri siaj filoj sen nomante ilin filoj de senhontulinaĉo kaj filo de hundo. Estas en tiaj vortoj, ke li petis novaĵojn pri ili aŭ transdonis al ili ordonojn pere de siaj oficiroj, kiam ili estis for Lia speciala plezuro estis parade revizii rajdistojn, kiujn li kunvenigis, en iliaj plej luksaj vestoj, el ĉiuj nomadaj Ňl'ánoj de Persujo. Koam tiuj militamaj triboj estis amasigitaj en la ebenaĵon, oni vidis la ḥájíon alveni vestitan, kiel malriĉulo, kun malnova ĉapelo eluzita kaj malbonformita, sabro malbone ligita sur la vesto, kaj rajdantan sur azeneto. Tiam li vicigis ĉirkaŭ si la ĉeestantojn, traktis ilin kiel stultulojn, ridis pri iliaj pompo, pruvis al ili ilian malindon, kaj resendis ilin kun donacoj, ĉar lia sarkasma humoro plimoliĝis per malavaro." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.132-3)

[227] "Anekdoto montras la sentojn, kiuj influis la ĉefministron, kiam li decidigis en ĉi tiu afero la volon de la ĉaho. Princo Farhád Mírzá, ankoraŭ juna, estis lernanto de ḥájí Mírzá Áqásí. Li poste rakontis: »Kiam Lia Reĝa Moŝto atentis la konsilon de sia ĉefministro kaj skribis al Báb ke Li iru al Máh-Kú, ni iris kun ḥájí Mírzá Áqásí por pasigi kelkajn tagojn en parko, kiun li mem farigis en Yaft-Ábád, en la ĉirkaŭaĵo de ṭihrán. Mi tre multe volis demandi mian majstron pri la okazintaĵoj, kiuj okazis, sed mi ne kuraĝis fari tion publike. Unu tagon, kiam mi estis promentanta kun li en la ĝardeno kaj li ŝajnis esti bonhumora, mi plikuraĝiĝis demandi lin: "ḥájí, pro kio vi sendis Bábon al Máh-Kú?" Li respondis al mi:

aferoj de la ŝtato kaj ne konduku fine al lia malsuperiĝo de potenco. Li sentis neniajn malicon aŭ kontraŭsenton kontraŭ Báb. Li fine sukcesis[228] inklinigi sian suverenon translokigi tiel timegigan kontraŭulon al malproksima kaj izola angulo de sia regno, kaj tiamaniere sukcesis senŝarĝigi sian spiriton de penso, kiu daŭre obsedis lin.[229] Kiel grandega estis lia eraro, kiel malĝojiga lia malsaĝaĵo! Li tute ne sciis, en tiu momento, ke per siaj senĉesaj intrigoj li estis detenanta de siaj reĝo kaj patrujo nekompareblajn profitojn de Dia Revelacio, kiu7 sola povus liberigi la landon de la terurega stato de degrado, en kiun ĝi falis. Per sia ago tiu nesagaca ministro ne nur detenis de ŝaho Muḥammad la plej superan perilon, per kiu li estus povinta restarigi rapide dekliniĝantan imperion, se ankaŭ senigis lin je tiu spirita Perilo, kiu estus povinta ebligi lin starigi sian senduban superecon super la popolojn kaj naciojn de la tero. Per sia malsaĝo, siaj malŝparemo kaj perfidaj konsiloj, li ekdetruis la fundamentojn de la Ŝtato, malaltigis ĝian prestiĝon, subfosis la lojalecon de siaj regatoj, kaj enigis ilin en abismon de mizero.[230] Senkapabla admoniĝi de la ekzemplo de siaj antaŭuloj, li malestime ignoris la bezonojn kaj interesojn de la popolo, daŭrigis kun senĉesa fervorego siajn projektojn por persona pligrandiĝo, kaj per siaj malvirto kaj malŝaremo implikis sian landon en ruinigajn militojn kontraŭ ĝiaj najbaroj. Sa`d-i-Ma`ádh, kiu estis nek reĝdevena nek rajtigito, per la justeco de sia konduto kaj sia senĉesa sindono al la Afero de Mahometo, atingis tiel altan rangon, ke ĝis la nuna tago la ĉefoj kaj regantoj de Islámo daŭre respektegas lian memoron kaj laŭdas lian virtecon; kvankam Buzurg-Mihr, la plej kapabla, la plej saĝa kaj plej sperta administranto inter la veziroj de Núshíraván-i-`Ádil, malgraŭ sia supera rango, fine estis publike malhonorigita, ĵetita en kavon, kaj fariĝis la celo de malestimo kaj moko de la loĝantoj. Li priplendis sian staton kaj ploris tiel amare, ke fine l perdis sian vidkapblon. Nek la ekzemplo de tiu nek la sorto de tiu ĉi ŝajnis atentigi tiun memfidan ministron pri la danĝeroj de lia propra implikiĝo. Li persistis en siaj pensoj ĝis ankaŭ li punperdis sian rangon, persid sian riĉaĵon,[231] kaj malaltiĝis en malhonoron kaj honton. La multegaj propraĵoj, kiujn li perforte ekprenis de la malaltaj kaj obeemaj regatoj de la ŝaho, la multekostaj mebloj, per kiuj li ornamis ilin, la vastaj elspezoj de laboro kaj mono, kiujn li ordonis por ilia plibonigo – ĉiuj estis neretroveble perditaj du jarojn post kiam li eldonis sian dekreton kondamnatan Bábon al kruela enkarcerigo inter la negastamaj montoj de Ádhirbáyján. Ĉiuj liaj posedaĵoj estis konfiskitaj de la Ŝtato. Li mem estis malhonorigita de sia suvereno, malhonore elpelita el ṭihrán, kaj viktimiĝis al malsano kaj malriĉo. Senigita je espero kaj malaltigita en mizeron, li malfortiĝadis en Karbilá ĝis la horo de sia morto.[232]

Oni do ordonis al Báb iri al Tabríz.[233] La sama eskorot, komandata de Muḥammad Big, akompanis Lin dum Lia fojaĝo al la nordokcidenta provinco Ádhirbáyján. Oni permesis al Li elekti unu kunulon kaj unu deĵoranton el Liaj sekvantoj por esti kun Li dum Lia restado en tiu provinco. Li elektis Siyyid ḥusayn-i-Yazdíon kaj lian fraton Siyyid ḥasan. Li rifuzis elspezi por si la kason provizitan de la registaro por la elspezo de tiu vojaĝo. Ĉiujn stipendojn donitajn de la Ŝtato Li donis al la malriĉuloj kaj necesbezonuloj, kaj oferis pro siaj privataj bezonoj la monon, kiun Li gajnis kiel komercisto en Búshihr kaj Shíráz. Pro tio, ke estis ordonite eviti eniri urbojn survoje al Tabríz, kelkaj el la kredantoj de Qazvín, informitaj pri la alproksimiĝo de ilia amata Ĉefo, iris al la vilaĝo Síyáh-Dihán[234] kaj ebliĝis al ili tie renkonti Lin.

---

"Vi estas ankoraů juna kaj vi ne povas kompreni certajn aferojn, sed sciiău, ke, se li estus veninta al ṭihrán vi kaj mi ne estus nun promenantaj liberaj de őiuj zorgoj en tiuj malvarmetaj ombrařoj."«" (Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de l.L.M. Nicolas, pp.243-4) Laů la historio de ḥájí Mu`inu's-Salṭanih (p.129), la őefa motivo, kiu influis ḥájí Mírzá Áqásíon instigi ěahon Muḥammad ordoni ekzilon de Báb al Áďľirbáyján, estis timo, ke la promeso, kiun Báb faris al la suvereno, ke Li resanigos lin de lia malsano, estu plenumita, se li permesos Lin esti akceptita en ṭihránon. Li estis certa, ke, se ebliăus al Báb efektivigi tian resanigon, la ěaho certe influiăus de sia Malliberulo kaj őesus donaci al sia őefministro la honorojn kaj profitojn, kiujn li sole ăuas.

[228] Laů Mírzá Abu'l-Fađl, ḥájí Mírzá Áqásí, per siaj aludoj al la ribelado de Muḥammad ḥasan Ňľán, la Salár en Ňľurásán, kaj la ribelado de Áqá Ňľán-i-Ismá`ílí en Kirmán, penis inklinigi la suverenon forlasi la projekton alvoki Bábon al la őefurbo kaj sendi Lin anstataůe al la malproksima provinco Áďľirbáyján.

[229] "Tamen, en ői tiu cirkonstanco, la klopodoj de la őefveziro troviăis tute vanaj. Pro timo, ke la őeesto de Báb őe ṭihrán okazigus novan konfuzon (kaj li jam havis sufiőan, dank' al liaj kapricoj kaj al lia malbona sistemo de administrado), li ěanăis siajn orrdonojn, kaj la eskorto, kiu estis kondukanta Bábon el Iṣfáhán al Tihran, je őirkaů tridek kilometroj de ői tiu dua őefurbo ricevis ordonon ne eniri kj konduki la Malliberulon al Máh-Kú, urbo, kie, en la opinio de la őefministro, la trompanto havus nenion por esperi, őar ăiaj loăantoj, dankemaj pro la bonfaroj kaj pro la protektado, kiujn ili ricevis de li, klopodus premhaltigi la tumulton, kiu povus naskiăi." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.356.)

[230] "Tamen, la stato de Persujo ne estis bona; őar ḥájí Mírzá Áqásí, kiu efektive estis ăia reganto dum dektri jaroj, »estis tute nescianta pri ětatisteco aů pri militoscienco, tamen tro vanta por akcepti edukon, kaj tor řaluza por akcepti helpanton; bruta en siaj esprimoj; malăentilega en sia konduto; maldiligenta en siaj moroj; li kondukis la fiskon al la bankrotrando kaj la landon al la rando de revolucio. La salajro d la soldataro estis ăenerale nepagita dum de tri ăis kvin jaroj. La kavalerio de la triboj estis preskaů neniigita.« Tio – laů la gravaj vortoj de Rawlinson – estis la stato de Persujo meze de la deknaůa jarcento." ("Historio de Persuji", de P.M. Sykes, vol. 2, pp.439-40.)

[231] "ḥájí Mírzá Áqásí, la duonfreneza, maljuna őwefministro, havis la tutan administradon en siaj manoj, kaj akiris tutan regon super la ěahon. La misregado de la lando fariăis pli kaj pli malbona, dum la loăantoj malsatadis kaj malbenadis la dinastion Qájár... La stato de la provincoj estis priplorinda, kaj őiu homo kun ia ajn pretendo al talento aů patrioteco estis ekzilita de la maljuna ḥájí, kiu estis diligente kolektanta riőařojn por si en ṭihrán, je la malprofito de la mizera lando. La guberniestecoj de provincoj estis vendataj al la plej altaj proponantoj, kiuj terurege subpremis la loăantojn." ("Ăenerala Skizo pri la Historio de Persujo", de C.R. Markham, pp. 486-7.)

[232] Gobineau skribas pri lia malaltiăo: "ḥájí Mírzá Áqásí, forpelita de potenco, pri kiu li estis őiam sakrasma, retiriăis al Karbilá, kaj tie li pasigis siajn lastajn tagojn mokante la mulláojn kiel ankaů iome la memoron de la sanktaj martiroj." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", p.160.) "Tiu ruzulo tiel bone superregis la olon de la nun mortinta ěaho, ke oni povus prave dire, ke la ministro estis efektive la suvereno; do li ne povis postvivi sian boněancon. Őe la morto de ěaho Muḥammad li malaperis kaj foriris al Karbilá, kie, sub protektado de sanktega Imám, eő ětata krimulo trovas neperforteblan rifuăon. Li baldaů mortis sub ěarăo de konsumanta őargreno, kiu, eő pli ol lia memriproőo, mallongigis lian vivon." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7. pp.367-8)

[233] Laů "Historio de Vojaăanto", (p.16), Báb "skribis leteron dum la vojaăo al la őefministro, dirante: »Vi alvokis Min el Iṣfáhán, por ke Mi konatiău kun la doktoroj kaj por atingi difinitivan kompromison. Kio okazis, ke ői tiu bonego intenco estas nun ěanăita al Máh-Kú kaj Tabríz?«

[234] Laů Samandar (manuskripto pp.4-5), Báb restis en la vilaăo Síyáh-Dihán, en la őirkaůařo de Qazvín, survoje al Áďľirbáyján. Estas dirite, ke dum tiu vojaăo Li revelaciis kelkajn Tabuletojn, kiujn Li skribis al la őefaj ulemoj en Qazvín, inter kiuj estis la jenaj: ḥájí Mullá `Abdu'l-Vahháb, ḥájí Mullá ṣáliḥ, ḥájí Mullá Taqí, kaj ḥájí Siyyid Taqí. Ői tiuj Tabuletoj estis transdonitaj al iliaj ricevontoj pere de ḥájí Mullá Aḥmad-

Unu el ili estis Mullá Iskandar, ku estis delegita de ḥujjat viziti Bábon en Shíráz kaj esplori Lian Aferon. Báb komisiis lin transdoni la jenan komunikon al Sulaymán Khán-i-Afshár, kiu estis granda admiranto de la mortinta Siyyid Káẓim: "Tiu, kies virtojn la nun mortinta siyyid senĉese laŭdis, kaj al la alveno de kies Revelacio li daŭre aludis, estas nun malkaŝita, Mi estas tiu Promesito. Leviĝu kaj liberigu Min de la mano de la subpremanto." Kiam Báb konfidis tiun ĉi komunikon al Mullá Iskandar, Sulaymán Khán estis en Zanján kaj estis pretiganta sin foriri al ṭihrán. En la daŭro de tri tagoj tiu komuniko atingis lin. Tamen, li ne respondis  al tiu alpeto.

Du tagojn poste, amiko de Mullá Iskandar sciigis la alpeton de Báb al ḥujjat, kiu estis enkarcerigita en la ĉefurbo je instigo de la ulemoj de Zanján. ḥujjat tuj ordonis al la kredantoj de sia naskurbo entrepreni ĉiujn rekvizitajn pretigojn kaj kolekti la militistaron necesan por efektivigi la liberigon de sia Majstro. Li instigis, ke ili agu singardeme kaj provu je konvena momento ekkapti kaj forkonduki Lin kien ajn Li dezirus. Post nelonge kuniĝis kun ili kredantaroj el Qazvín kaj ṭihrán, kiuj, laŭ la instrukcioj de ḥujjat, iris por plenumi la planon. Ili kuratingis la gardistojn je noktomezo kaj, trovinte ilin dormegantajn, alproksimiĝis al Báb kaj petegis Lin forkuro. "ankaŭ la montoj de Ádhirbáyján havas siajn pretendojn", estis Lia memfidema respondo, dum Li ameme konsilis al ili forlasi sian projekton kaj reiri al siaj hejmoj.[235]

Alproksimiĝante al la pordego de Tabríz, Muḥammad Big, sentante, ke la horo de disiĝo de sia Malliberulo estas proksima, petegis Lian ĉeeston kaj kun larmplenaj okuloj petis Lin pardoni liajn mankonjn kaj pekojn. "La vojaĝo el Iṣfáhán," li diris, "estis longa kaj peniga. Mi malsukcesis plenumi mian devon kaj servi Vin, kiel mi devus. Mi petegas Vian pardonon, kaj petas Viajn bonvolajn benojn." "Estu certita," Báb respondis, "ke Mi konsideras vin kiel anon de Mia gregejo. Tiuj, kiuj akceptos Mian Aferon, eterne benos kaj gloros vin, kaj laŭdos vian konduton kaj altigos vian nomon."[236] La ceteraj gardistoj sekvis la ekzemplon de sia ĉefo, petegis la benojn de sia Malliberulo, kisis Liajn piedojn, kaj kun larmplenaj okuloj adiaŭis Lin. Al ĉiu Báb esprimis sian dankemon pro lia sindona servado kaj certigis lin pri siaj preĝoj pro li. Nevoleme ili transkondukis Lin al la guberniestro de Tabríz, heredonto de la trono de ŝaho Muḥammad. Al tiuj, kun kiuj ili poste kon\atiĝis, ĉi tiuj sindonaj deĵorantoj de Báb kaj vidintoj de Liaj superhomaj saĝeco kaj potenco, rakontis kun sankta timo kaj admiro la historion pri tiuj mirindaĵoj, kiujn ili vidis kaj aŭdis, kaj per tio helpis dissemi propramaniere la sciigon pri la nova Revelacio.

La novaĵo pri la baldaŭa alveno de Báb al Tabríz vigligis la kredantojn de tiu urbo. Ili ĉiuj iris renkonte al Li, deziregante esprimi bonvenon al tiel amata ĉefo. La estroj de la registaro, en kies gardon Báb estis transkondukota, rifuzis permesi al ili alproksimiĝi kaj ricevi Liajn benojn. Tamen, unu junulo, senpova deteni sin, elkuregis nudpiede tra la pordegon de la urbo, kaj, en sia malpacienco rigardadi la vizaĝon de sia Amato, elkuris al Li distancon de duona farsango.[237] Alproksimiĝante al la rajdistoj marŝantaj antaŭ Báb, li ĝoje bonvenigis ilin kaj, ekprenante la vestborderon de unu el ili, pie kisis liajn piedigojn. "Vi estas la kunuloj de mia Plejamato", li larmplene ekkriis. "Mi amas vin kiel mian pupilon." Lia eksterordinara konduto, lia ega emocio, mirigis ilin. Ili tuj plenumis lian peton atingi la ĉeeston de sia Majstro. Tuj kiam liaj okuloj ekvidis Lin, ekkrio de ĝojego aŭdiĝis el liaj lipoj. Li terenfalis kaj ploregis. Báb elseliĝis, ĉirkaŭbrakis lin, forviŝis liajn larmojn, kaj kvietigis la maltrankvilecon de lia koro. El ĉiuj kredantoj de Tabríz, tiu junulo sola sukcesis ĵuri fidelon al Báb kaj esti benita per Lia mantuŝo. Ĉiuj aliaj devis kontentiĝi per malproksima ekvido de sia Amato, kaj pere de tiu rigardo provis satigi sian sopiron.

Kiam Báb alvenis al Tabríz, oni kondukis Lin al unu el la ĉefaj domoj de tiu urbo, kiun oni rezervigis por Lia malliberigo.[238] Taĉmento el la Náṣira regimento gardis la enirejon de Lia domo. Escepte de Siyyid ḥusayn kaj lia frato, nek la publiko nek Liaj sekvantoj estis permesitaj renkonti Lin. Tiu sama regimento, rekrutigita el inter la loĝantoj de Khamsih, kaj al kiu oni donis specialajn honorojn, estis poste elektita pafi la kunpafaron, kiu mortigis Lin. La cirkonstancoj de Lia alveno ekscitegis la loĝantojn en Tabríz. Tumulta homamaso kunvenis por vidi Lian eniron en la urbon.[239] Kelkaj estis instigitaj de scivolemo, aliaj fervore deziris certiĝi pri la fantaziaj onidiroj rondirantaj pri Li, kaj ankoraŭ aliaj estis instigitaj de siaj fidelo kaj sindono atingi Lian  eeston kaj certigi Lin pri sia lojaleco. Dum Li iris

---

i-Ibdál. Kelkaj kredantoj, inter kiuj estis la du filoj de ḥájí Mullá `Abdu'l-Vahháb, estis ebligitaj konatiăi kun Báb dum tiu nokto, kiun Li pasigis en tiu vilaăo. Estas dirite, ke el ői tiu vilaăo Báb skribis sian epistolon al ḥájí Mírzá Aqasi.

[235] En la "Táríňľ-i-Jadíd" estas dirite, ke Muḥammad Big rakontis la jenan historion al ḥájí Mírzá Jání: "Do ni surseliăis kaj rajdis ăis ni atingis brikan karavanan loăejon du farsangojn de la urbo. El tie ni iris al Mílán, kie multaj el la loăantoj venis vidi Lian Sanktecon kaj miregis pri la majesto kaj digno de tiu Sijjoro de la homaro. Matene, dum ni estis ekelirantaj el Mílán, maljunulino enigis brogitkapan infanon, kies kapo estis tiel kovrita de vundokrustoj, ke ăi estis blanka ăis la kolo, kaj petegis Lian Sanktecon resanigi lin. La gardistoj estus malpermesinta ĕin, sed Lia Sankteco malebligis ilin kaj alvokis la infanon al si. Tiam Li tiris poĕtukon super lian kapon kaj ripetis kelkajn vortojn; post kio la infano estis tuj resanigita. Kaj en tiu loko őirkaů ducent personoj kredis kaj travivis veran kaj sinceran konvertiăon." (Pp.220-21)

[236] Mírzá Abu'l-Fadl deklaras en siaj verkoj, ke li mem, dum li estis en ṭihrán, konatiăis kun filo de Muḥammad Big, kies nomo estis `Alí-Akbar Big, kaj aůdis lin rakonti la rimarkindajn travivaŕojn de sia patro dum lia vojaăo al Tabríz kun Báb. `Alí-Akbar Big estis fervora kredanto je la Afero de Bahá'u'lláh kaj estis tiel konata de la baháanoj de Persujo.

[237] Vidu la Glosaron.

[238] Laů "Historio de Vojaăanto", (p.16), Báb restis kvardek tagojn en Tabríz. Laů la manuskripto de ḥájí Mu`ínu's-Salṭanih (p.138), Báb, őe sia alveno en Tabrízon, pasigis la unuan nokton en la hejmo de Muḥammad Big. El tie Li estis transkokigita al őambro en la Citadelo (la Sankta Ĕranko), kiu apudestis la Masjid-i-`Alí Šľáhon.

[239] La progreso de ői tiu energiulo (Mullá Yúsuf-i-Ardibílí) estis tiel granda kaj tiel rapida, ke eő la pordego de Tauris (Tabríz) la loăantoj de homplena urbo dediőis sin al Li kaj nomi sin bábanoj. Kompreneble, en la urbo mem la bábanoj estis sufiőe grandnombraj, kvankam la registaro estis klopodanta publike kulpigi Bábon pri trompado, puni Lin kaj pere de tio pravigi sin antaů la popolo." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, pp.357-8.)

laŭlonge la stratoj, la aklamado de la popolamaso resonis ĉiuflanke. La granda plimulto el tiuj, kiuj vidis Lian vizaĝon, salutis Lin per la laŭtkrio “Alláh-u-Akbar”,[240] aliaj laŭte gloris kaj kuraĝigis Lin, kelkaj alpreĝis pro Li la benojn de la Plejpotenculo, aliajn oni vidis kisi respektege la polvon de Liaj piedsignoj. Tia estis la bruegado, kiun Lia alveno ekscitis, ke oni ordonis al anoncisto averti la laĝantaron pri la danĝero, kiu atendas tiujn, kiuj kuraĝos serĉi Lian ĉeeston. “Kiu ajn iel provos alproksimiĝi al Siyyid-i-Báb”, aŭdiĝis la kriado, “aŭ provos renkonti Lin, ĉiuj ties posedaĵoj estos tuj forprenitaj kaj li mem estos kondamnita al ĉiama malliberiĝo.”

La tagon post la alveno de Báb, ḥájí Muḥammad-Taqíy-i-Mílání, konata komercisto de la urbo, kune kun ḥájí `Alí-`Askar, kuraĝis ekiri por intevjui Bábon. Iliaj amikoj kaj bonvolemuloj avertis ilin, ke per tia *ovo ili ne nur riskos perdon de siaj posedaĵoj, sed ankaŭ endanĝerigos sian vivon. Tamen, ili rifuzis atenti tiajn konsilojn. Alproksimiĝante al la pordo de la domo, en kiu Báb estis malliberigita, ili estis tuj arestitaj. Siyyid ḥasan, kiu en tiu momento estis elvenanta el la ĉeesto de Báb, tuj intervenis. “Siyyid-i-Báb ordonis min,” li instiste protestis, “transdoni al vi la jenan komunikon: »Permesu al ĉi tiuj vizitantoj eniri, ĉar Mi mem invitis ilin konatiĝi kun Mi.«” Mi aŭdis ḥájí `Alí-`Askaron atesti jene: “Ĉi tiu komuniko tuj silentigis la kontraŭulojn. Ni estis tuj enkondukitaj en Lian ĉeeston. Li salutis nin per la jenaj vortoj: »Ĉi tiuj mizeraĉuloj, kiuj gardas ĉe la pordo de Mia domo, estis destinitaj de Mi kiel protektado kontraŭ la enkurego de la popolamaso, kiu amasiĝas ĉirkaŭ la domo. Ili estas senpovaj malebligi al tiuj, kiujn Mi deziras renkonti, atingi Mian ĉeeston.« Dum ĉirkaŭ du horoj ni restis kun Li. Eksigante nin, Li konfidis al mi du kalcedoniajn ringŝtonojn, ordonante al mi ĉizigi sur ilin la du versojn, kiujn Li jam antaŭe donis al mi; muntigi kaj reporti ilin al Li, tuj kiam ili estos finitaj. Li certigis nin, ke, kiam ajn ni dezirus renkonti Lin, neniu malhelpus nian enlason al Li. Kelkafoje mi kuraĝis iri al Li por sciiĝi pri Lia deziro rilate al certaj detaloj pri la komisio, kiun Li konfidis al mi. Eĉ ne unufoje mi trovis la plej malgrandan kontraŭstaron flanke de tiuj, kiuj  estis gardantaj la enirejon de Lia domo. Eĉ ne unu ofendan vorton ili eldiris kontraŭ mi, nek ili ŝajnis atendi la plej malmultan pagon pro sia indulgo.

“Mi memoras, dum mia kuneco kun Mullá ḥusayn, kiel mi impresiĝis pri la multaj signoj de liaj sagaco kaj eksterordinara povo. Estis mia privilegio akompani lin dum lia vojaĝo el Shíráz al Mashhad, kaj mi vizitis kun li la urbetojn Yazd, ṭabas, Bushrúyih, kaj Turbat. Mi bedauregis en tiuj tagoj la malĝojon pri tio, ke mi ne konatiĝis kun Báb en Shíráz. »Ne malĝoju,« Mullá ḥusayn fidodone certigis min, »la Plejpotenculo sendube povas kompensi vin en Tabríz pro la perdo, kiun vi suferis en Shíráz. Ne nur unufoje, sed eĉ sepfoje Li povas ebligi al vi partopreni la ĝojon de Lia Ĉeesto, kontraŭ tiu unu vizito, kiun vi maltrafis.« Mi miris pri la konfido, kiun kiu li eldiris tiujn vortojn. Ĝis la tempo de mia vizito al Báb en Tabríz, kiam, malgraŭ malfavoraj circonstancoj, mi kelkafoje atingis Lian ĉeeston, ĝis tiam mi ne memoris tiujn vortojn de Mullá ḥusayn, kaj mi miris pri lia rimarkinda antaŭvidkapablo. Kiel granda estis mia surprizo, kiam ĉe mia sepa vizito ĉe Báb, mi aŭdis Lin paroli la jenajn vortojn: »Laŭdon al Dio, kiu ebligis al vi plenumi la nombron de viaj vizitoj, kaj kiu elmontris al vi sian amemen protektadon.«”

## *Ĉapitro XIII*
## *La Enkarcerigo de Báb en la Kastelo de Máh-Kú*

Oni aŭdis Siyyid ḥusayn-i-Yazdíon rakonti la jenon: “Dum la unuaj dek tagoj de la enkarcerigo de Báb en Tabríz, neniu sciis, kio estas okazonta al Li. La plej fantaziaj konjektoj rondiris en la urbo. Unu tagon mi kuraĝis demandi Lin, ĉu Li daŭros resti tie, kie Li estas, aŭ ĉu Li estos translokigita al ankoraŭ alia loko. »Ĉu vi forgesis,« estis Lia tuja respondo, »la demandon, kiun vi faris al mi en Iṣfáhán? Dum periode de ne malpli, ol naŭ monatoj, ni restos malliberigitaj sur la Jabal-i-Básiṭ,[241] el kie ni estos translokigitaj sur la Jabál-i-Shadídon[242] Ambaŭ ĉi tiuj lokoj estas inter la montoj de Khuy kaj kuŝas ambaŭflanke de la urbeto samnomita.« Kvin tagojn post kiam Báb eldiris tiun ĉi antaŭdiron, oni ordonis translokigi Lin kaj min al la kastelo de Máh-Kú kaj transkonduki nin en la gardon de `Alí Khán-i-Máh-Kú’í.”

La kastelo, fortika, ŝtona konstruaĵo kvartura, okupas la supron de monto, ĉe kies malsupro kuŝas la urbeto Máh-Kú. La sola vojo de tie kondukas en tiun urbeton, finiĝanta ĉe pordo, kiu apudestas la registaran sidejon kaj estas ĉiam fermita. Tiu ĉi pordo estas aparta de tiu de la kastelo mem. Lokita sur la limoj de ambaŭ la turka kaj rusa imperioj, ĉi tiu kastelo, pro ĝia supera loko kaj strategiaj avantaĝoj, estis uzita kiel centro por ĉirkaŭesploraj celoj. En milita tempo la oficirestro de tiu fortikaĵo observadis la movadojn de la malamiko, esploris la ĉirkaŭaĵon, kaj raportis al sia registaro tiujn urĝokazojn, kiujn li vidis. La kastelo estas limigita okcidente de la rivero Araxes, kiu signas la landlimon inter la teritorio de la ŝaho kaj la rusa imperio. Suden etendiĝas la teritorio de la sulṭáno de Turkujo; kaj la landlima urbeto Báyazíd kuŝas ĉe distanco de nur kvar farsangoj[243] de la monto Máh-Kú. La landlima oficirestro de la kastelo estis viro nomita `Alí Khán. Ĉiuj loĝantoj de la urbeto estas kurdoj kaj apartenas al la sunana sekto de Islámo.[244] La ŝianoj, kiuj formas la vastan plimulton el la loĝantoj de Persujo, estis ĉiam iliaj malkaŝaj kaj amaraj malamikoj. Ĉi tiuj kurdoj

[240] “Dio estas la Plejgranda.”

[241] Laŭlitere “la Malferma Monto”, aludo al Máh-Kú. La nombra valoro de “Jabal-i-Básiṭ” estas egala al tiu de “Máh-Kú”

[242] Laŭlitere “la Malăojiga Monto”, aludo al Čľihríg. La nombra valoro de Jabal-i-Šľadíd” estas egala al tiu de Čľihríg.

[243] Vidu la Glosaron.

[244] “Li loăas sur monto, kies loăantoj ne povas eő eldiri la vorton »Jannat« (Parodizo), kiu estas araba vorto. Kiel do ili povus kompreni ăian signifon? Vidu do kio ěajnas esti la vero esenca.” (“La Persa Bayán”, vol. 4, p.14.)

precipe malŝategas la siyyidojn de la ŝianaj sektoj, kiujn ili konsideras kiel la spiritajn gvidantojn kaj ĉefajn agitistojn inter siaj kontraŭuloj. Pro tio, ke la patrino de `Alí Khán estis kurdino, la loĝantoj de Máh-Kú estimegis kaj absolute obeis la filon. Ili konsideris lin kiel anon de sia propra komunumo kaj plene konfidis je li.

Ḥájí Mírzá Áqásí intence klopodis forsendi Bábon al tiel malproksima, tiel negastama kaj danĝere lokita angulo de la teritorio de la ŝaho, kun la sola celo kontraŭagi la tajdon de Lia pligrandiĝanta influo kaj disigi ĉiun ligilon, kiu ligis Lin al Lia disĉiplaro en ĉiu parto de la lando. Memfideme, ke nur tre malmultaj kuraĝus penetri tiun sovaĝan kaj tumultan regionon okupitan de tiel ribelema popolo, li espereme imagis, ke ĉi tiu devigita izoleco de lia Malliberulo for de la penadoj kaj interesoj de Liaj sekvantoj iom post iom emos sufoki la Aferon eĉ ĉe ĝia naskiĝo kaj fine elmortigos ĝin.[245] Tamen, li baldaŭ konstatis, ke li serioze miskomprenis la karakteron de la Revelacio de Báb kaj ne sufiĉe taksis la forton de ĝia influo. La tumultaj spiritoj de ĉi tiu tumultema popolo estis baldaŭ venkitaj per la mildaj moroj de Báb, kaj iliaj koroj moliĝis per la nobliga influo de Lia amo. Ilia malhumileco estis humiligita de Lia senekzempla modesto, kaj ilia malmodera aroganteco moliĝis per la saĝeco de Liaj vortoj. Tia estis la fervoro, kiun Báb ekscitis en tiuj koroj, ke ilia unua ago ĉiumatene estis serĉi lokon, de kie ili povu ekvidi Lian vizagoon, kie ili povu komuniiĝi kun Li kaj petigi Liajn benojn por sia ĉiutaga laboro. En disputoj ili instinkte rapidis al tiu loko kaj, fikse rigardante Lian malliberejon, alpreĝis Lian nomon kaj solene petis unu la alian deklari la veron. `Alí Khán kelkafoje provis inklinigi ilin lasi tiun ĉi kutimon, sed li trovis sin senpova bridi ilian entuziasmon. Li plenumis siajn devojn kun pleja senindulgo kaj rifuzis permesi al iuj el la konfesitaj disĉiploj de Báb loĝi, eĉ dum unu nokto, en la urbeto Máh-Kú.[246]

"Dum la unuaj du semajnoj", Siyyid Ḥusayn plie rankontis, "oni permesis al neniu viziti Bábon. Nur mia rato kaj mi estis enlasitaj en Lian Ĉeeston. Ĉiutage Siyyid Ḥasan, akompanata de unu el la gardistoj, subiris al la urbeto kaj aĉetis niajn ĉiutagajn necesaĵojn. Shaykh Ḥasan-i-Zunúzí, kiu alvenis al Máh-Kú, pasigis la noktojn en masjid ekster la urbeta pordego. Li servis kiel peranto enter tiuj sekvantoj de Báb, kiuj okaze vizitis Máh-Kúon, kaj Siyyid Ḥasan, mia frato, kiu siavice antaŭmetis la petojn de la kredantoj antaŭ ilian Majstron kaj sciigis al Shaykh Ḥasan pri Lia respondo.

Unu tagon Báb ordonis al mia frato informi Shaykh Ḥasanon, ke Li mem petos `Alí Khánon aliigi sian sintenadon kontraŭ la kredantoj, kiuj vizitadis Máh-Kúon, kaj forlasi sian senindulgon. »Diru al li,« Li aldiris, »ke morgaŭ mi ordonos al la gardisto kunduki lin tien ĉi.« Mi miregis pri tia komuniko. Kiel la despotema kaj obstina `Alí Khán, mi pensis al mi, povus esti inklinigita malserverigi la senindulgon de sia disciplino? Frue en la sekvinta tago, kiam la pordo de la kastelo estis ankoraŭ fermita, ni miris pri neatendita pordofrapo, ĉar ni bone sciis, ke oni ordonis, ke neniu estu enlasita antaŭ sunleviĝo. Mi rekonis la voĉon de `Alí Khán, kiu ŝajne protestis al la gardistoj, el kiuj unu baldaŭ eniris kaj informis min, ke la gardistestro de la kastelo insistas esti enlasita en la ĉeeston de Báb. Mi transdonis lian komunikon kaj ricevis ordonon konduki lin tuj en Lian Ĉeeston. Elirante el Lia antaŭĉambro, mi trovis `Alí Khánon starantan ĉe la lojlo en sintenado de tuta subiĝo, lia vizaĝo elmontranta esprimon de nekutimaj humileco kaj miro. Liaj memtrudemo kaj malhumileco ŝajne tute malaperis. Humile kaj ĝentilege li siavice salutis min kaj petegis permeson eniri en la ĉeeston de Báb. Mi kondukis lin la la ĉambro, kiun mia Majstro estis okupanta. Liaj membroj tremis dum li sekvis min. Interna maltrankvilo, kiun li ne povis kaŝi, montriĝis sur lia vizaĝo. Báb leviĝis de sia disloko kaj bonvenigis lin. Kliniĝante respektege, `Alí Khán alproksimiĝis kaj ĵetis sin ĉe Liajn piedojn. »Liberigu min«, li petegis, »de mia konfuzo. Mi solene petas Vin, pro la Profeto de Dio, Via famega Prapatro, dispeli miajn dubojn, ĉar ilia ŝarĝo preskaŭ premegas mian koron. Mi estis rajdanta tra la dezerto kaj alproksimiĝanta al la urbeta pordego je tagiĝo, kiam miaj okuloj subite vidis Vin starantan ĉe la riverbordo, preĝantan. Kun eletenditaj brakoj kaj suprenlevita rigardo Vi estis alpreĝanta la nomon de Dio. Mi haltis kaj observis Vin. Mi atendis ĝis Vi finos Vian Diservon, por ke mi povu alproksimiĝi kaj riproĉi Vin pro tio, ke Vi kuraĝis forlasi la kastelon sen mia permeso. Dum Via komunikiĝo kun Dio Vi ŝajnis esti tiel enprofundiĝinta en adorado, ke Vi estis tute memforgesa. Mi kviete alproksimiĝis al Vi; en Via stato de ravo Vi tute ne konsciis pri mia ĉeesto. Subita timego kaptis min, kaj mi resaltis je la penso veki Vin el Via ekstazo.

---

[245] Patrujo de la ŏefministro sur la landlimo de Ádľirbáyján, ŏi tiu urbo eliăis el ăia nekonateco sub la administrado de ŏi tiu ministro, kaj multaj loăantoj de Máh-Kú estis altigitaj al la plej gravaj postenoj de la ĕtato pro sia sklavemeco al Ḥájí Mírzá Áqásí." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.356, noto 1.)

[246] "Estas Báb mem, kiu sciigas al ni, kiel pasis Lia vivo en la malliberejo, kie Li estis enĕlosita. Liaj plendoj, tiel oftaj en la Bayán, okazis, mi ipinias, pro la severeco de la disciplino laŭ ordonoj, kiuj venis de tempo al tempo el Ṭihrán. Ŏiuj historiistoj, efektive, bábanoj kiel ankaů mahometanoj, diras al ni, ke malgraů la severaj ordonoj malebligi ŏiujn interrilatojn inter la Malliberulo kaj la ekstera mondo, Báb akceptis amason da disŏiploj kaj fremduloj en sian malliberejon. (La verkinto de Mutanabbiyyín skribas: »Bábanoj el ŏiuj partoj de la tero iris en Ádľirbáyjánon, pilgrimante al sia Ŏefo.«)... »Ho! Kia estas via blindeco, ho Mia kreito! Vi opinias, ke tio, kion vi faras, kontentigas min! Kaj malgraů ŏi tiuj versoj, kiuj atestas Min, ŏi tiuuj versoj, kiuj elfluas el Mia potenco, kaj kies trezoro estas ja la esteco de ŏi tiu eminentulo (Báb), malgraů ŏi tiuj versoj, kiuj elvenas el Lia buĕo nur kun Mia permeso, jen, sen ia ajn rajto, vi lokigis Lin sur montpinton, kies loăantoj ne indas eŏ mencion. Proksime al Li, kiu estas proksime al Mi, estas neniu krom unu el la Literoj de la Vivanto el Mia libor. Inter Liaj manoj, kiuj estas Miaj du manoj, ne estas eŏ servanto por lumigi nokte la lampon. Kaj jen, la homoj sur la tero estis kreitaj nur pro Lia ekzisto. Estas pro Lia bonvolo, ke ili ăojas, kaj ili ne donas al Li eŏ lumon!« (Unueco 2, pordo 1.) »La frukto (de la isláma religio) estas kredi je la Malkaĕanto (Báb), kaj oni enkarcerigis lin en Máh-Kú!« (Unueco 2, pordo 7.) »Ŏio, kio apartenas al la Paradizano, estas en Paradizo. Ŏi tiu izola ŏambro (en kiu Mi estas), kaj kiu ne havas eŏ pordon, estas hodiaů la plej granda el la ăardenoj de Paradizo, ŏar la Arbo de Vero estas plantita tie. Ŏiuj atomoj, el kiuj ăi konsistas, krias: "Vere, ne estas alia dio krom Dio. Vere, Mi estas Dio, kaj ne estas alia Dio krom Mi, la Sinjoro de la Universo!"« (Unueco 2, pordo 16.) »La frukto de ŏi tiu pordo estas, ke la homaro, vidante, ke estas permesite fari ŏion ŏi tion por la Bayán (elspezi tiom da mono), kiu estas nur la antaůsigno de Tiu, al kiu Dio sin malkaĕos, devas komprenigi al si pri tio, kion oni faru por Tiu, al kiu Dio sin malkaĕos, kiam Li aperos, por ke ne okazu al Li tio, kio okazas al Mi hodiaů. Tio estas, tute tra la mondo estas multaj Koranoj, kiuj valoras mil túmánojn, dum Tiu, kiu revelaciis versojn (Báb) estas lokigita sur monton, en ŏambron konstruitan el brikoj sunbakitaj. Kaj tamen, ŏi tiu ŏambro esta sla Arkaŕo mem (9-a ŏielo, restadejo de Dio.) Tio estu ekzemplo al la sekvantoj de la Bayán, por ke ili ne agu kontraů Li, kiel la sekvantoj de la Korano agis kontraů Mi.« (unueco 3, pordo 19.) ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.l.M. Nicolas, pp. 365-7.) "Ŏiuj kredas je Li, kaj oni enkarcerigis Lin sur monton! Ŏiuj ăojegas pro Li, kaj oni forlasis Lin! Nenia fajro estas pli flama por tiuj, kiuj tiel agis, ol iliaj propraj agoj; same, por la kredantoj nenia Paradizo estas pli alta, ol ilia propra kredo." ("La Persa Bayán", vol.1, pp.126-7.)

Mi decidis lasi Vin, iri al la gardistoj kaj admoni ilin pro ilia malatento. Je mia miro, mi baldaŭ eltrovis, ke kaj la ekstera kaj la interna pordego estas fermitaj. Oni malfermis ilin ĉe mia peto, mi estis enkondukita en Vian ĉeeston, kaj nun mi trovas Vin, je mia miro, sidantan antaŭ mi. Mi tute konfuziĝas. Mi ne scias, ĉu mia racio forlasis min.« Báb respondis kaj diris: »Ĉio, kion vi vidis, estas vera kaj neneigebla. Vi malgrandigis tiun ĉi Revelacion kaj malestime neis ĝian Aŭtoron. Dio, la Ĉielkompata, ne dezirante aflikti vin per sia puno, decidis malkaŝi al vi la Veron. Per sia Dia interhelpo Li inspiris en vian koron la amon de sia Elektito, kaj igis vin ekkoni la nevenkeblan potencon de sia Kredo.«”

Ĉi tiu mirinda travivaĵo tute aliigis la koron de `Alí Khán. Tiuj vortoj kvietigis lian maltrankvilon kaj venkis la furiozon de lia malamikeco. Li decidis ĉielpove kompensi pri sia antaŭa konduto. “Malriĉulo, shaykho”, li rapide informis al Báb, “sopiras atingi Vian ĉeeston. Li loĝas en masjid ekster la pordego de Máh-Kú. Mi petas Vin, ke mi mem estu permesita alvenigi lin tien ĉi, por ke li povu renkonti Vin. Pere de ĉi tiu ago me esperas, ke miaj malvonfaroj estu pardonitaj, ke mi estu ebligita forlavi la makulojn de mia kruela konduto kontraŭ Viaj amikoj.” Lia peto estis plenumita, ĉe kio li iris tuj al Shaykh ḥasan-i-Zunúzí kaj kondukis lin en la ĉeeston de lia Majstro.

Kvankam limigita pri sia devo, tamen `Alí Khán ekprovizis tiom, kiom eble, ĉion tion, kio emus moderigi la rigoron de la mallibereco de Báb. Nokte la pordo de la kastelo estis ankoraŭ fermita; tage, tamen, tiuj, kiujn Báb deziris vidi, estis permesitaj eniri en Lian ĉeeston, povis interparoli kun Li kaj ricevi Liajn ordonojn.

Enkarcerigita interne de la kastelmuroj, Li dediĉis sian tempon al verkade de la persa Bayán, la plej grava, la plej klariga kaj plej vastenhava el ĉiuj Liaj verkoj.[247] En ĝi Li konigis la leĝojn kaj instruojn de sia Spiritordo, klare kaj emfaze anoncis la alvenon de posta Revelacio, kaj persiste instigis siajn sekvantojn serĉi kaj trovi “Tiun, al kiu Dio sin malkaŝos”,[248] avertante ilin, por ke ili ne permesu, ke la misteroj kaj aludoj en la Bayán malhelpu ilian ekkonon de Lia Afero.[249]

---

[247] “Tiel grandaj popolamasoj daŭre venis el őiuj partoj por viziti Bábon, kaj la verkoj, kiuj devenis de Lia inspirita plumo dum ői tiu periode estis tiel multnombraj, ke ili fine atingis ăis pli, ol cent mil versoj.” (“Táríňľ-i-Jadid”, p.238.) “Jen, őirkaŭ cent mil linioj similaj al ői tiuj versoj disvastiăis inter la homoj, krom la ekkriitaj preăoj kaj la demandoj pri science kaj filozofio.” (“La Persa Bayán”, vol. 1, p.43.) “Konsideru ankaŭ la temon pri la Punkto de la Bayán. Tiuj, kiuj konas Lin, scias, kia estis Lia rango antaŭ la Malkaěo; sed post la Malkaěo, kaj kvankam ăis hodiaŭ Li revelaciis pli, ol kvin cent mil baytojn (versojn) pri diversaj temoj, tamen oni kontraŭparolas kontraŭ Li tiajn vortojn, kiujn la plumo rifuzus ripeti.” (“La Persa Bayán”, vol. 3, p.113.) “La versoj, kiuj fluis el ői tiu Nubo de Dia kompato (Báb) estis tiel abundaj, ke neniu ankoraŭ povis taksi ilian nombron. Dudeko de volumoj estas nun haveblaj. Kiel multaj ankoraŭ restas preter nia atingo! Kiel multaj estis rabitaj kaj falis en la manojn de la malamiko, kies sorton neniu scias!” (“Kitáb-i-Íqán”, pp. 182-3.)

[248] Aludo al Bahá’u’lláh. “Al Mullá Báqir, unu el la Literoj de la Vivanto – la gloro kaj favoro de Dio estu sur li – Li (Báb) skribas la jenajn vortojn: »Eble, en la oka jaro, en la Tago de Lia Malkaěo, vi atingos Lian Őeeston.«” (“Epistolo al Filo de Lupo”, p.129.)

[249] Estis laŭ tiu sama ideo, ke, mallberigita en Máh-Kú, Li skribis longan leteron al la ěaho (Muḥammad), kiun ni analizu ői tie. La dokumento komenciăas, kiel preskaŭ őiuj literaturaj dokumentoj de Báb, per laŭdegoj pri la Dia unueco. Báb daŭras laŭdi, kiel decas, Mahometon kaj la dekdu imámojn, kiuj, kiel oni vidos en la dua volumo de ői tiu verko, estas bazangulaj ětonoj de la Bayána konstruaŕo. »Mi firmdiras«, Li ekkrias, »ke őio, kio estas en ői tiu mondo de eblŕoj krom ili, estas, kompare kun ili, kvazaŭ absoluta nenieco, kaj se oni ja povus esprimi ăin, őio tio estas nur ombro de ombro. Mi petas Dion pardoni min pri la limoj, kiujn mi ŕus difinis al ili, őar vere, la plej alta grado de laŭdo, kiun oni povas doni al ili, estas konfesi eő en ilia őeesto, ke oni ne povas laŭdi ilin... Pro tio Dio kreis Min el tia argilo, el kia neniu alia estas kreita. Kaj Dio donis al Mi tion, kion la kleruloj, malgraŭ sia scio, estas senpovaj kompreni, kion neniu povas scii, krom se tiu estus tute neniigita antaŭ Mia Revelacio... Sciiău, ke vere, Mi estas kolono de la unua vorto. Kiu ajn scias tiun unuan vorton, tiu tute scias pri Dio kaj jam estas enirinta en la universalan bonon. Tiu, kiu ne volas koni ăin, restas nescianta pri Dio kaj estas enirinta en la universalan malbonon. Mi ŕuras je via Dio, la Majstro de la du mondoj, ke tiu, kiu vivas en ői tiu mondo tiel longe, kiel la naturo permesas, kaj restas dumvive la sklavo de Dio en őiuj bonfaroj, kiujn la scio pri Dio entenas, se li sentas en sia kkoro ian malamikecon kontraŭ Mi, eő tiel malmultan, ke nur Dio povus kompreni ăin, őiuj liaj bonfaroj kaj lia tuta pieco estas do senutilaj, kaj Dio punos lin, kaj li estas inter la mortemuloj. Dio difinis őun bonon, kiu estas signifita en obeado al Mi, kaj őiun malbonon, kiu rezultas pro malobeado al Miaj ordonoj. Vere, hodiaŭ Mi vidis, el Mia rango, őion, kion Mi estas dirinta, ankaŭ la idojn de Mia amo kaj de Mia obeado en la plej altaj restadejoj de la őielo, dum Miaj malamikoj estas enigitaj en la profundaŕojn de fajro. Mi ŕuras je Mia vivo, se Mi ne estus devigita akcepti la rangon de la ḥujjat de Dio, Mi ne estus avertinta vin...« Estas evidente, ke Báb daŭras ői tie tre klare kaj renovigas la firmdirojn, kiujn Li faris en la Kitáb-i-baynu’l-ḥaramayn. Li nenion aldonas nek retiras. »Mi estas«, Li diras, »la Punkto, el kiu őiu, kiu ekzistas, trovas ekziston. Mi estas tiu Vizaăo de Dio, kiu ne mortas. Mi estas tiu Lumo, kiu ne estingiăas. Tiu, kiu konas Min, estas akompanata de őio bona; tiun, kiu malakceptas Min, persekutas la malbono. Vere, Moseo, kiam Li petegis tion al Dio (Li volis vidi Dion), - Dio brilis sur la monton iom de la lumo de unu el la disőiploj de `Alí, kaj, kiel la hadioj klarigas, “ői tiu lumo, Mi ŕuras je Dio, estis Mia lumo.”« Őu vi ne vidas, ke la nombra valoro de la literoj de Mia nomo egalas al la nombra valoro de la literoj de la vorto Rabb (Sinjoro)? Nu, őu Dio ne diris en la Korano: “Kaj kiam via Rabb brilas sur la monton.” Báb daŭrigas per trakto pri la antaŭdiroj en la Korano kaj en kelkaj ḥádíoj pri la malkaěo de la Mihdí. Li rakontas la konatajn ḥádíojn de Mufađđal, kies rakonto estas unu el la plej fortaj rezonoj por la vereco de Lia misio. En la Korano estas dirite, őapitro 32, verso 4: Dio gvidas la aferojn (de la mondo) de la őielo ăis la tero kaj (őio) resupreniras al Li en tago, kies daŭro estas mil jaroj, laŭ nia kalkulo.” Aliflanke, la lasta Imám malaperis en la jaro 260a de la Heăro, kaj je tiu momento la profeta malkaěo estas plenumita kaj »la pordo de scio estas fermita.« Nu, Mufađđal demandis al la Imám ṣádiq pri la signoj de la alveno de la Mihdí, kaj la Imám respondis al li: »Li malkaěos sin en la jaro 60 kaj Lia nomo estas altigita.« Tio signifas la jaron 1260, kiu estas precize la jaro de la malkaěo de Báb. »Mi ŕuras je Dio«, diras pri tiu Siyyid `Alí-Muḥammad, »Mi neniam studis, kaj Mia edukado estas tiu de komercisto. En la jaro 60a Mia koro pleniăis de potencaj versoj, de veraj scioj kaj atesto pri Dio. Kaj Mi proklamis Mian mision eő en tiu jaro... Kaj en tiu sama jaro Mi sendis al vi senditon (Mullá ḥusayn-i-Bušľrú’í), portanton de Libro, por ke la registaro povu fari sian devon al la ḥujjat. Sed pro la volo de Dio, ke ekestu interna milito, kiu surdigu la orelojn, blindigu la okulojn, kaj senkompatigu la korojn, oni ne lasis mian senditon atingi vin. Tiuj, kiuj konsideris sin patriotoj, intervenis, kaj eő hodiaŭ – preskaŭ kvar jaroj jam pasis – neniu diris al vi la veron pri ői tiu afero. Kaj nun, őar Mia tempo alproksimiăas, őar Mia laboro estas dia kaj ne homa, Mi skribis al vi mallonge. Mi ŕuras je Dio! Se vi nur scius, kiel viaj oficiroj kaj delegitoj traktis Min dum diuj kvar jaroj! Se vi scius tion, timo pri Dio sufokus vin, krom se vi ekintencus obei la ordonon de la ḥujjat kaj tiuj kompensi tion, kio okazis. Mi estis en Šľíráz, kaj tiu malbona kaj malbenita guberniestro suferigis sur Min tiajn tiranaŕojn, ke, se vi scius eő la plej malgrandan parton de ili, pro via justeco vi aplikos sur lin repunon, őar lia krueleco altiris al punon de la őielo sur la tutan imperion eő ăis la juăotago. Ői tiu fierega kaj őiam ebria viro neniam eldonis interigentan ordonon. Mi estis devigita forlasi Šľírázon kaj Mi estis survoje al ṭihrán por vidi vin, sed la nun mortinta Mu`tamidu’d-Dawlih komprenis la verecon de mia misio kaj faris tion, kion postulas respektego al la elektitoj de Dio. La nesciantoj de la urbo ektumultis, kaj pro tio Mi kaěis min en la palaco ṣadr ăis la morto de Mu`tamid. Dio rekompencu lin! Estas nenia dubo, ke la kaŭzo de lia savo el la inferna fajro estas pro tio, kion li faris por Mi. Tiam Gurgín devigis Min vojaăi dum sep noktoj kun kvin personoj, sen ia ajn vojaăbezono kaj kun mil mensogoj kaj mil perfortoj. Ve! Ve pro tio, kio okazis al Mi! Fine la Sulṭáno ordonis konduki Min al Máh-Kú, eő ne donante al Mi rajdobeston, kiun Mi povus rajdi. Ve! Ve! Okazis al Mi tio, kio okazis! Fine Mi atingis tiun vilaăon, kies loăantoj estas nesciantaj kaj malăentilegaj. Ha! Mi ŕuras je Dio, se vi scius, en kia loko Mi loăas, vi estus la unua, kiu kompatus Min. ăi estas fortikaŕeto sur motpinto, kaj estas pro via bonvolo, ke Mi devas loăi eő en tia loko! Du viroj kaj kvar hundoj loăas tie! Pripensu, kiel Mi pasigas Miajn tagojn! Mi dankas al Dio, kiel Li rajtas esti dankata, kaj Mi ŕuras je Dio, ke tiu kiu malliberigis min tien, estas kontenta pri tio, kion li faris. Kaj tamen, se li scius, kiun li tiel traktis, li ne estus plu feliőa. Kaj nun, Mi malkaěos sekreton al vi. Tiu viro malliberigis (en Mia persono) őiujn profetojn, őiujn saktulojn kaj Tiu, kiu esta plena de la Dia sciado. Kaj restas nenia peko, pri kio Mi ne

Mi Aŭdis Shaykh ḥasan-i-Zunúzíon atesti la jenon: “La voĉo de Báb, dum Li diktis la instruojn kaj principojn de sia Kredo, estis klare aŭdebla de la loĝantoj ĉe la malsupro de la monto. La melodio de Lia psalmokantado, la ritma fluo de la versoj, kiuj fluis el Liaj lipoj, ĉarmis niajn orelojn kaj penetris eĉ en niajn animojn. Monto kaj valo reeĥis la majeston de Lia voĉo. Niaj koroj vibris en siaj profundoj laŭ la alpeto de Lia eldiro.”[250]

La laŭgrada malserverigo de la severa discipino trudita sur Bábon uraĝiis pligraniĝantan nombron de Liaj disĉiploj el la diversaj provincoj de Persujo viziti Lin en la kastelo de Máh-Kú. Senĉesa amaso da avidaj kaj piaj pilgrimantoj estis direktita al ĝiaj pordoj per la mildeco kaj indulgo de `Alí Khán.[251] Post tritaga resto ili estis ĉiam elsenditaj de Báb, kun instrukcioj reiri al siaj respektivaj sveroj de servado kaj rekomenci sian laboradon por la firmigo de Lia Kredo. `Alí Khán mem neniam preterlasis viziti Bábon ĉiuvendrede kaj certigi Lin pri siaj neflankiĝantaj lojaleco kaj sindono. Li ofte donacis al Li la plej bonegajn kaj elektindajn fruktojn haveblajn en la ĉirkaŭaĵo de Máh-Kú, kaj provizadis al Li tiujn frandaĵojn, kiuj, li opiniis, estus agrablaj al Liaj gusto kaj ŝato.

Tiamaniere Báb pasigis la someron kaj aŭtonon interne de la muroj de tiu kastelo. Sekvis vintro tiel severega, ke la malvarmego efikis eĉ sur la kuprajn ilojn. La komenco de tiu sezono koincidis kun la monato Muḥarram de la jaro 1264 p.H.[252] La akvo, kiun Báb uzis por sia lavado  estis tiel glacie malvarma, ke la gutoj brilis dum ili glaciiĝis sur Lia vizaĝo. Post la fino de ĉiu preĝo Li kutimis voki al si Siyyid ḥusaynon kaj peti lin laŭtlegi eltiraĵon el la Muḥriqu’l-Qulúb, verko de la nun mortinta ḥájí Mullá Mihdí, praavo de ḥájí Mírzá Kamálu’d-Dín-i-Naráqí, en kiu la aŭtoro laŭdas la virtojn, lamentas la morton, kaj rakontas la cirkonstancojn pri la martirigo de la Imám ḥusayn. La rakonto pri tiuj suferadoj igis egan emocion en la koro de Báb. Liaj larmoj fluadis dum Li aŭskultis al la rakonto pri la nedireblaj indignindaĵoj, per kiuj oni superŝutis lin, kaj pri la angora doloro, kiun li suferis pri perfida malamiko. Dum la cirkonstancoj de tiu tragedia vivo estis rakontataj al Li, Báb daŭre rememoris tiun ankoraŭ pli grandan tragedion, kiu estis destinita konigi la alvenon de la promesita ḥusayn. Al Li tiuj estintaj kruelagaĵoj estis nur simbolo, kiu antaŭsignis la amaran afliktadon, kiun Lia propra amata ḥusayn estis baldaŭ suferonta pro siaj samlandanoj. Li ploris, dum Li prezentis al si tiujn afliktegojn, kiujn tiu Malkaŝanto estis antaŭdifinita suferi, tiaj afliktegoj, kiujn la Imám ḥusayn, eĉ dum siaj angoroj, neniam devis elporti.[253]

---

suferis... Kiam Mi sciiĝis pri via ordono (konduki Min al Máh-Kú) Mi skribis al ṣadr-i-A`ýam: Mortigu Min, kaj sendu Mian kapon kien ajn vi deziras, ĉar vivi senpeke kaj iri inter pekulojn, ne konvenas al Mi.” Li nenion respondis al Mi; kaj Mi konvinkiĝis, ke li ne sciis la veron pri la afero. Ĉar malĝojigi senkaŭze la korojn de la gekredantoj estas pli malbone, ol detrui eĉ la domon de Dio. Nu, mi ĵuras je Dio, ke Mi estas hodiaŭ la vera domo de Dio. Ĉia bono iras al tiu, kiu faras bonon al Mi, ĉar tiam estas, kvazaŭ li faris bonon al Dio, al Liaj anĝeloj, al Liaj amikoj. Sed eble Dio kaj Liaj amikoj estas tro altaj, por ke la bono aŭ malbono de homoj atingu la polvon de ilia sojlo, sed tio kio okazas al Dio, okazas al Mi. Mi ĵuras je Dio, ke tiu, kiu malliberigis Min, malliberigis sin; kaj nenio okazos al Mi krom tio, kion Dio ordonis. Do ve! Ve al tiu, kies mano faras malbonon; feliĉega tiu, kiu disvastigas bonon.« Fine, kaj por resumi tiun ĉi tro longan leteron: »La alia afero estas tera. La nun mortinta Mu`tamid unu nokton eksigis ĉiujn siajn ĉeestantojn kaj eĉ ḥájí Mullá Aḥmadon, tiam li diris al Mi: “Mi bone scias, ke ĉion, kion mi akiris, mi akiris perforte, kaj tio apartenas al la ṣáḥibu’z-Zamán. Mi do donas la tuton al Vi, ĉar Vi estas la Majstro de la Vero, kaj mi petas, ke Vi fariĝu posedanto.” Li eĉ deprenis ringon de sia fingro kaj donis ĝin al Mi. Mi prenis la ringon kaj redonis ĝin al li kaj forsendis lin posedantan ĉiujn liajn havaĵojn. Dio atestas tion, kion Mi diras, kaj lia atersto sufiĉas. Mi ne volas eĉ unu dinaron de liaj havaĵoj, sed apartenas al vi ordoni, kiel ĝajnas al vi bone. Sed, ĉar en ĉiu disput Dio mem postulas ateston de du atestantoj, el inter ĉiuj kleruloj venigu Siyyid Yaḥyáon kaj Áḥl’únd Mullá `Abdu’l-Ḱl’áliq. Ili montros kaj klarigos al vi Miajn versojn, kaj tio, kio rezultos, estos la perfektigo de Mia atesto. El ĉi tiuj du personoj, unu konis Min antaŭ la Malkaŝo, la alia poste; ambaŭ bone konas Min, kaj pro tio Mi elektis ilin.« Kaj la letero finiĝas per kabalistaj pruvoj kaj ḥádíoj. Estas evidente, ke Báb enuiĝis en sia malliberejo, kaj Li restis tie dum sufiĉe longa tempo, ĉar la dokumento, kiun ni ĵus citis, estas datita 1264, kaj la ekzekuto de la Martiro okazis nur la 27an de Ŝl’a`bán en la jaro 1266 (8. julio, 1850).” (Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb” de A.L.M. Nicolas, pp.367-73.)

[250] Ĉi tio estas la preĝo, kiun Báb mem citas en la “Dalá’il-i-Sab`ih” kiel sian petegon dum la monatoj de sia malliberiĝo en la kastelo de Máh-Kú: “Ho Mia Dio! Donu al Li, al Liaj idoj, al Lia familio, al Liaj amikoj, al Liaj subuloj, al Liaj parencoj, al ĉiuj, kaj al ĉiuj homoj sur la tero, radion, kiu lumigas iliajn rigardojn, faciligas ilian laboron, venigas ilin inter la plej bonajn agojn de ĉi tiu mondo kaj de la alia. Vere, Vi povas tion, kin Vi volas! Ho Mia Dio! Revivigu en Li tion, per ko Li povu renovigi Vian religion, kaj pere de li vivigu tion, kion Vi ŝanĝis en Via Libro; pere de Li malkaŝu tion, kion Vi modifis en Viaj ordonoj, por ke per Li Via religio denove leviĝu; metu en Lian manon novan Libron puran kaj sanktan; por ke nenia dubo, nenia necerteco estu en ĉi tiu Libro, por ke neniu povu forigi aŭ modifi ĝin. Ho Mia Dio! Lumigo per Via brilego ĉion, kio estas malklara, kaj per Lia firmiga potenco disĵetu la malnofajn leĝojn. Per Lia supereco ruinigu tiujn, kiuj ne sekvis la vojon de Dio. Pere de Li mortigu ĉiujn tiranojn, ekstermu per Lia glavo ĉiujn malpacojn, forigu per Lia justeco ĉiujn premegojn, obeigu al Viaj ordonoj ĉijn estrojn; sub Lian imperion subigu ĉiujn imperiojn. Ho Mia Dio! Malaltigu tiun, kiu ajn volas malaltigi Lin, mortigu tiun, kiu ajn estas Lia malamiko; malkonfesu tiun, kiu ajn malkonfesas Lin kaj konfuzu tiun, kiu ajn rifuzas Lian veron, malkonfesas Liajn ordonojn, penas malklarigi Lian lumon kaj neniigu Lian nomon.” Báb tiam alskribas la jenan vortojn: “Ripetu ofte ĉi tiujn benojn, kaj, se vi ne havas tempon por ripeti ilin entute, nepre diru la lastan parton. Estu vigla en la tagode la apero de Tiu, al kiu Dio sin malkaŝos, ĉar ĉi tiu preĝo subiris el la ĉielo por Li, kvankam Mi esperas, ke nenia ĉagreno atendas Lin. Mi instruis al Miaj religianoj ne ĝoji pro ies malfeliĉo. Tial, povas esti, ke je la apero de la Suno de Vero, nenia doloro trafos Vin.” (“La Libro de la Sep Pruvoj”, traduko de A.L.M. Nicolas, pp.64-5.)

[251] “La aŭtoro de la Mutanabiyyín skribas: »Bábanoj el ĉiuj partoj de la tero iris en Áḋl’irbáyjánon, pligrimante al sia ĉefo.«” (Princo `Alí-Qulí Mírzá, I`tiḋádu’s-Salṭanih estas la verkinto.) (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p. 365, noto 227.)

[252] 9. Decembro 1847 – 8. Januaro 1848 p.Kr.

[253] “Dum sia restado en Máh-Kú Báb verkis multajn verkojn, inter la plej gravaj el kiuj povas esti speciale menciitaj la persa Bayán kaj la Sep pruvoj (Dalá’il-i-Sab`ih), kiuj ambaŭ montras sufiĉan internan pruvon, ke ili estis verkitaj en ĉi tiu periodo. Se estas kredebla la deklaro farita en la Táríĥl’-i-Jadíd je aŭtoritato de Mírzá `Abdu’l-Vahháb, la diversaj verkoj de Báb rondirantaj en Tabríz mem ja atingis ĝis ne malpli, ol miliono da versoj!” (“Historio de Vojaĝanto”, Noto L, po. 200.) Rilate al la “Dalá’il-i-Sab`ih”, Nicolas skribas jene: “La Libro de la Sep Pruvoj estas la plej grava polemika verko, kiu elvenis el la plumo de Siyyid `Alí-Muḥammad, alnomita Báb.” (Antauparolo, p.1.) “Lia korespondanto ĝajne demandis al Li ĉiujn pruvojn pri Lia misio, kaj la respondo, kiun li ricevis, estis admirinda pro precizo kaj klareco. Ĝi baziĝas sur du versoj el la Korano. Laŭ la unua, neniuj povas revelacii versojn, eĉ se ili havus kiel kunlaborantojn ĉiujn homojn kaj ĉiujn demonojn – laŭ la dua, neniuj komprenas la signifon de la versoj de la Korano, krom Dio kaj homoj de fortika scio.” (Antaŭparolo, p.5.) “Kiel oni vidas, la argumentado de Báb estas nova kaj originala, kaj jam per ĉi tiu simpla aludo oni povas komprenigi la potencan intereson, kiun prezentas la legado de Liaj literaturaj verkoj. La amplekso de ĉi tiu laboro ne permesos al mi liberecon malkovri, eĉ mallonge, la principajn dogmojn de certe maltimema doktrino, kaj kies aspekto estas certe brila kaj alloga. Mi esperas fari tion estonte, sed momente me ankoraŭ havas rimarkigon por prezenti pri la Libro de la Sep Pruvoj. Efektive, ĉe la fino de sia verko Báb parolas pri la mirakloj, kiuj akompanis Lian malkaŝon. Ĉi tio sendube mirigos la leganton, ĉar li estas vidinta en Lia respondo nian apostolon klare nei la korpajn miraklojn, kiujn la mahometana fantazio atribuas al mahometo. Li certigas, ke por si, kiel ankaŭ por la araba profeto, la sola pruvo pri Lia misio estas la elfluo de laversoj. Li ne havas aliajn pruvojn, ne ĉar li

En unu al siaj verkoj revelaciitaj en la jaro ’60 p.H., Báb deklaras jene “La spirito de preĝo, kiu vivigas Mian animon, estas rekta sekvo de sonĝo, kiun Mi sonĝis en la jaro antaŭ la deklaro de Mia Misio. En Mia vizio Mi vidis la kapon de la Imám ḥusayn, la Siyyidu’-sh-Shuhadá’, perdantan sur arbo. Sango gutegis el Lia ŝirvundita gorĝo. Kun sento de nesuperebla ĝojo Mi alproksimiĝis al tiu arbo kaj, eletendinte Miajn manojn, kolektis kelkajn gutojn el tiu sankta sango kaj pie trinkis ilin. Kiam Mi vekiĝis, Mi sentis, ke la Spirito de Dio trapenetris kaj ekposedis Mian animon. Mia koro travibris pro la ĝojo de Lia Dia ĉeesto, kaj la misteroj de Lia Revelacio malkovriĝis en sia tuta gloro antaŭ Miaj okuloj.”

Tuj kiam ŝaho Muḥammad kondamnis Bábon al malliberiĝo inter la montajn fortikaĵojn de Ádhirbáyján, afliktis lin tia neatendita malfelliĉo, kian li neniam antaŭe travivis, kaj kiu trafis eĉ la fundamentojn de lia ŝtato. Terurega malsukceso surprizatingis lian militistaron, kiu okupiĝis je efektivigo de interna ordo en la provincoj.[254] La standardon de ribelado oni suprenlevis en Khurásán, kaj tiel granda estis la konsterno igita de tiu ekribelo, ke la projektita militiro de la ŝaho al Hirát estis tuj forlasita. La senzorgo kaj malŝparo de ḥájí Mírzá Áqásí flamigis la bruletantan fajron de malkontento, koleregigis la popolon kaj kuraĝigis ilin inciti ribelon kaj malbonon. La plej tumultemaj elmontoj en Khurásán, kiuj loĝadis en la regionoj Qúchán, Bujnúrd kaj Shíraván, interligiĝis kun la Sálár, filo de la Áṣifu’d-Dawlih, la pli maljuna patrinflanka onklo de la ŝaho kaj gubenriestro de la provinco, kaj malkonfesis la aŭtoritaton de la centrea registaro. Ĉiu militistaro, kiu estis sendita el la ĉefurbo, renkontis tujan malsukceson ĉe la ĉefaj instigantoj de la ribelado. Ja`far-Qulí Khán-i-Námdár kaj Amír Arslán Khán, filo de la Sálár, kiu kondukis la aferon kontraŭ la militistaro de la ŝaho, motris plejan kruelecon kaj, repuŝinte la atakojn de la malamiko, senkompate mortigis siajn malliberulojn.

Mullá ḥusayn estis tiam loĝanta en Mashhad,[255] kaj, malgraŭ la tutmulto, kiun tiu ribelo okazigis, penis disvastigi la scion pri la nova Revelacio. Tuj kiam li eltrovis, ke la Sálár, en sia deziro plivastigi la amplekson de la ribelado, jam decidis alproksimiĝi al li kaj akiri lian subtenon, li tuj decidis forlasi la urbon por eviti impliki sin en la konspiroj de tiu fierega kaj rebelema ĉefo. Noktomeze, kiu nur Qambar-`Alí kiel deĵoranto, li piediris al ṭihrán, el kiu loko li decidis viziti Ádhirbáyjánon, kie li esperis renkonti Bábon. Kiam liaj amikoj sciiĝis pri lia forirmaniero, ili tuj provizis tion, kio ajn necesus por la komforto de lia longa kaj peniga vojaĝo kaj rapidis kuratingi lin. Mullá ḥusayn rifuzis ilian helpon. “Mi ĵuris”, li diris, “piediri la tutan distancon, kiu apartigas min de mia Amato. Mi ne ŝanceliĝos en mia decidemo ĝis mi atingos mian celon.” Li eĉ provis inklinigi Qambar-`Alíon reiri al Mashhad, sed fine devis cedi al lia petego permesi lin deĵori kiel lia servanto dum lia pilgrimado al Ádhirbáyján.

Survoje al ṭihrán Mullá ḥusayn estis entuziasme akceptiata de la kredantoj en la diversaj urbetoj, tra kiujn ili pasis. Ili faris al li la saman peton kaj ricevis de li la saman respondon. Mi aŭdis la jenan ateston el la lipoj de Áqáy-i-Kalím: “Kiam Mullá ḥusayn alvenis al ṭihrán, mi, kune kun granda aro da kredantoj, iris viziti lin. Li ja ŝajnis al ni la enkorpiĝo de konstanteco, de pieco kaj virteco. Li inspiris nin per siaj justeco kaj ega lojaleco. Tia estis la forto de lia karaktero kaj la ardo de lia kredo, ke ni konvinkiĝis, ke li, sola kaj sen ia ajn helpo, kapablus atingi la triumfon de la Kredo de Dio.” Sekrete oni enkondukis lin en la ĉeeston de Bahá’u’lláh, kaj baldaŭ post sia intervjuo li iris al Ádhirbáyján.

En la nokto antaŭ lia alveno al Máh-Kú, kiu estis la antaŭvespero de la kvara Naw-Rúz post la deklaro de la Misio de Báb, kaj kiu en tiu jaro, la jaro 1264 p.H.,[256] okazis la dektrian de la monato Rabí`u’th-Thání, `Alí Khán sonĝis sonĝon. “En mia dormo”, li tiel rakontas sian historion, “mirigis min la neatendita sciigo, ke Mahometo, la Profeto de Dio, estas baldaŭ alvenonta al Máh-Kú, ke Li estas ironta rekte al la kastelo por viziti Bábon kaj saluti Lin je la alveno de la festo Naw-Rúz. En mia sonĝo mi elkuris renkonti Lin, deziregante transdoni al tiel sankta Vizitanto esprimon pri mia humila

estas senkapable fari miraklojn – ŏar Dio faras tion, kion Li volas – sed simple pro tio, ke la korpaj mirindegaŕoj estas malsuperaj, ol spiritaj mirakloj.” (“Antaŭparolo, pp.12-13.) (“La Libro de la Sep Pruvoj”, tradukita de A.L.M. Nicolas.)

[254] “Ŏi tiu provinco estis jam de kelkaj jaroj afliktita de konfuzoj sufiŏe gravaj. Ŏe la fino de la jaro 1844 aŭ komence de la jaro 1845, la guberniestro de Bujnúrd ribelis kontraŭ la aŭtoritato de la ĕaho kaj interligiăis kun la turkomanoj kontraŭ Persujo. Princo Áṣifu’d-Dawlih, guberniestro de Ňľurásán, petis helpon de la ŏefurbo. Gerneralo Ňľán Bábá Ňľán, generalestro de la persa armeo, ricevis ordonon sendi dekmil virojn kontraŭ la ribelantoj, sed malsufiŏo en la ĕtata kaso malhelpis lin obei. Tial la ĕaho planis estri militiron por la printempo. Pretigoj por ŏi tiu militiro energie komenciăis. Baldaŭ dek batalionoj de po mil homoj estis pretaj, atendantaj nur la alvenon de princo ḥamzih Mírzá, elektita generalestro de la militiro. Subite la guberniestro de Ňľurásán, Áṣifu’d-Dawlih, frato de la patriono de la reăo, sentante sin minacata pri sia sekureco pro la suspekto, kiu venis el ṭihrán kontraŭ li, alvenis en la kortegon ŕeti sin ŏe la piedojn de la reăo por solene certigi lin pri sia tuta sindono, kaj postuli justecon kontraŭ siaj akuzantoj. Nu, lia ŏefa malamiko estis ḥájí Mírzá Áqásí, la tutpotenca ŏefministro. La disputo estis do longa, sed finiăis per malvenko de la guberniestro, kiu ricevis ordonon pilgrimadi al Mekko kun la patriino de la reăo. La filo de Áṣifu’d-Dawlih, Sálár, gardisto de la moskeo en Mašľhad, mem riŏa, forta pro sia interligiăo kun la ŏefa kurdo Ja`far-Qulí Ňľán, Ílňľánano el la tribo Qájár, de tiam fariăis sufiŏe malamika, kio kaŭzis tujan sendon de tri mil viroj kaj dekdu kanonoj, kaj samtempe la registaro de Ňľurásán estis donita la ḥamzih Mírzá. La novaŕo, ke Ja`far-Qulí Ňľán, estranta kavalerion grandnombran el kurdoj kaj turkomanoj, buŏadis kelkajn taŏmentojn de la reăa armeo, kaŭzis tujan sendon de kvin novaj rregimentoj kaj 18 kanonoj. Estis ŏirkaŭ la 28a de oktobro en la jaro 1847, kiam ŏi tiu ribelo ĕajnis esti tute subigita per la venko de Šľáh-rud (15. Septembro) kaj la despeliăo kaj la forkuro de Ja`far-Qulí Khan kaj de Sálár.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, pp.257-8.)

[255] “Mašľhad estas la plej granda pilgrimloko en la tuta Persujo; Karbilá, kiel oni scias, estas en turka teritorio. Estas tie, kie kuĕas la Imám Riđá. Mi ne emfazos la centojn da mirakloj, kiujn la sanktejo jam faris kaj ankoraŭ faras ŏiutage; sufiŏu scii, ke ŏiun jaron miloj da pilgrimantoj iras al ŏi tiu tombo kaj reiras hejmen nur post ili estis malĕarăitaj de iliaj lastaj moneroj de la ruzaj ekspuluatantoj de ŏi tiu produktema industrio. La orofluo senŏese fluas inter la manoj de la feliŏaj oficiroj; sed ŏi tiuj kompreneble bezonas multajn helpantojn por kapti en siajn retojn siajn sennombrajn trompotojn. Tio estas sendube la plej bone organizita industrio en la tuta Persujo. Sekvas, ke, se duono de la urbo vivas el la moskeo, la alia duono ankaŭ interesiăas pri la alamasiăo de la vizitantoj. Mi aludas al la komercistoj, la restoraciistoj, la hotelistoj, kaj eŏ al la fraŭlinoj, kiuj trovas tie tiom da edzoj laŭhoraj aŭ laŭtagaj, kiom ili deziras. Ŏiuj ŏi tiuj homoj kompreneble devis unuiăi kontraŭ misionisto, kies doktrionon ili ignoris, sed kiu tamen ĕajnis al ili minaci ilian industrion. Denunci hontindaŕojn estas tute bone en alia ajn urbo, sed estas apenaŭ dece tie, kie ŏiuj, malgrandaj kaj grandaj, vivas nur el ŏi tiuj hontindaŕoj. La Imám Mihdí sendube rajtas veni, sed estas tre enuige. Certe estus belege tramigradi kaj venki la mondon kun Li, sed estus lacigege kaj riskege; ankaŭ, oni povus ricevi danĕerajn vundojn. Kaj nun oni estas trankvilega, en bona urbo, kie oni gajnas monon senriske kaj sendanĕere.” (ibid., pp. 258-9.)

[256] 1848 p.Kr.

bonvenigo. En stato de neesprimebla feliĉo mi rapide piediris al la rivero, kaj atinginte la ponton, kiu troviĝas ĉe distanco de maydáno[257] de la urbeto Máh-Kú, mi vidis du sinjorojn alproksimiĝantajn al mi. Ŝajnis al mi, ke unu el ili estas la Profeto mem, kaj la alia, kiu iris malantaŭ Li, unu el Liaj eminentaj kunuloj. Mi rapidis ĵeti min ĉe Liajn piedojn, kaj estis kliniĝanta kisi Lian vestoborderon, kiam mi subite vekiĝis. Granda ĝojo plenigis mian animon. Mi sentis kvazaŭ Paradizo mem kaj ĉiuj ĝiaj ĉarmegoj estus amasigitaj en mian koron. Konvinkita pri la realeco de mia vizio, mi lavadis min, preĝis, survestis miajn plej riĉajn vestojn, ŝmiris min per parfumo, kaj iris al la loko, kie en la antaŭa nokto en mia sonĝo mi regardadis la vizaĝon de la Profeto. Mi estis ordoninta miajn deĵorantojn seli tri el miaj plej bonaj kaj plej rapidaj ĉevaloj kaj konduki ilin tuj al la ponto. La suno ĵus leviĝis, kiam, sola kaj neeskortita, mi eliris el la urbeto Máh-Kú al la rivero. Alproksimiĝante al la ponto, mi eltrovis kun mirofrapo la du homojn, kiujn mi vidis en mia sonĝo, irantajn unu malantaŭ la alia kaj alproksimiĝantajn al mi. Instinkte mi falis ĉe la piedojn de tiu, kiu ŝajnis al mi esti la Profeto, kaj pie kisis ilin. Mi petegis Lin kaj Lian kunulon surseliĝi sur la ĉevalojn, kiujn mi pretigis por ilia eniro en Máh-Kúon. »Ne«, estis Lia respondo, »mi ĵuris piediri la tutan vojon. Mi piediros al ĉi tiu motpinto kaj tie vizitos vian malliberulon«"

Ĉi tiu stranga travivaĵo de `Alí Khán pliprofundigis la respektegon en lia sintenado al Báb. Lia kredo je la potenco de Lia Rvelacio fariĝis eĉ pli granda, kaj lia sindono al Li livastiĝis. En sintenado de humila kapitulaco li sekvis Mullá ḥusaynon ĝis ili atingis la pordon de la kastelo. Tuj kiam la okuloj de Mullá ḥusayn ekvidis la vizaĝon de lia Majstro, kiun oni vidis starantan ĉe la sojlo de la pordo, li haltis kaj, kliniĝinte antaŭ Li, apudstaris senmove. Báb etendigis siajn brakojn kaj korinkline ĉirkaŭbrakis lin. Preninte lian manon, Li kondukis lin al sia ĉambro. Tiam Li alvokis siajn amikojn al si kaj solenis kun ili la feston Naw-Rúz. Pladoj da sukerajooj kaj de la plej elektindaj fruktoj estis provizitaj antaŭ Lin. Li disdonis ilin inter siaj kuniĝintaj amikoj, kaj proponante kelkajn cidoniojn kaj pomojn al Mullá ḥusayn, Li diris: "Ĉi tiuj bongustegaj fruktoj venis al ni el Mílán, la Arḍ-i-Jannat,[258] kaj ili estis speciale ekprenitaj kaj konsekritaj por ĉi tiu festo de la Ismu'lláhu'l-Fatíq, Muḥammad-Taqí."

Ĝis tiu tempo neniu el la disĉiploj de Báb, krom Siyyid ḥusayn-i-Yazdí kaj lia frato, estis permesitaj pasigi la noktOn interne de la kastelo. Tiun tagon `Alí Khán iris al Báb kaj diris: "Se estas Via deziro reteni Mullá ḥusaynon kun Vi hodiaŭ nokte, mi estas preta plenumi Vian deziron, ĉar mi mem havas nenian volon. Kiel longe Vi deziros, ke li restu kun Vi, tiel longe mi promesas plenumi Vian ordonon." La disĉiploj de Báb daŭrigis alveni pligrandnombre al Máh-Kú, kaj ili estis tuj kaj sen ia ajn limigo enlasataj en Lian ĉeeston.

Unu tagon, dum Báb, akompanita de Mullá ḥusayn, estis ĉirkaŭrigardanta la pejzaĝon de la ĉirkaŭaĵo de sur la tegmento de la kastelo, Li rigardadis okcidenten kaj, vidinte la riveron Araxes serpentumantan malproksime malsupre, turnis sin al Mullá ḥusayn kaj diris: "jen la rivero, kaj jen ĝia bordo, pri kiuj la poeto ḥáfiẓ skribis jene: »Ho zefiro, se vi preterirus la bordojn de la rivero Araxes, metu kison sur la teron de tiu valo kaj bonodorigu vian spiriton. Saluton, milfoje saluton al vi, ho loĝejo de Salmá! Kiel karaj estas la voĉoj de viaj kamelistoj, kiel dolĉa la sonorado de viaj tintiloj!«[259] La tagoj de via restado en ĉi tiu lando estas finiĝontaj. Se ne estus pro la mallongdaŭro de via resto, ni estus montrintaj al vi la »loĝejon de Salmá«, ĝuste kiel ni malkovris al vi la »bordojn de la rivero Araxes«." Per la "loĝejo de Salmá" Báb volis diri la urbeton Salmás, iu kuŝas en la ĉirkaŭado de Chihríq, kaj kiun la turkoj nomas Salmás. Daŭrigante siajn vortojn, Báb diris: "Estas la tuja influo de la Sankta Spirito, kiu igas ĉi tiajn vortojn flui el la langoj de poetoj, vortoj, kies signifon ili mem ofte ne kapablas ekkompreni. La jena verso estas ankaŭ diinspirita: »Shíráz ektumultos; Junulo dolĉelanga aperos. Mi timas, ke la spiro el Lia buŝo ne agitu kaj renversu Baghdádon.« La mistero gardita en ĉi tiu verso estas nun kaŝita; ĝi estos malsekretigita en la jaro post ḥín."[260] Báb poste citis la jenan konatan tradicion: "Trezoroj kuŝas kaŝitaj sub la trono de Dio; la ŝlosilo de ĉi tiuj trezoroj estas la langoj de poetoj." Tiam, unu post la alia Li rakontis al Mullá ḥusayn tiujn okazontaĵojn, kiuj devos okazi, kaj ordonis al li ne mencii ilin al iu.[261] "Kelkajn tagojn post via foriro el ĉi tiu loko", Báb informis lin, "oni translokigos Nin al alia monto. Antaŭ ol vi alvenos al via vojagocelo la novajo pri Nia foriro el Máh-Kú estos atinginta vin."

La antaŭdiro, kiun Báb eldiris, estis tuj plenumita. Tiuj, kiuj estis ordonitaj observi sekrete la movadojn kaj konduton de `Alí Khán, antaŭmetis al ḥájí Mírzá Áqásí detalan raporton, en kiu ili longe priparolis pri lia ega sindono al sia Malliberulo, kaj priskribis tiukjn okazaĵojn, kiuj emis certigi iliajn deklarojn. "Tagon kaj nokton", ili skribis al li, "oni povas vidi la gardistestron de la kastelo de Máh-Kú asocii kun sia malliberulo en plenaj libereco kaj amikeco. `Alí Khán, kiu obstine rifuzis edyinigi sian filinon kun la heredonto de la trono de Persujo, preterkstante, ke tia ago tiel furiozigus la sunnanajn parencojn de sia patrino, ke ili senhezite mortigus lin kaj lian filinon, nun treege deziras, ke tiu

[257] Vidu la Glosaron.

[258] Laŭlitere "Lando de Paradizo."

[259] Laŭ la historio de ḥájí Mu`inu's-Salṭanih (pp.67-8), Mírzá ḥabíb-i-Šľírází, pli bone konata laŭ la nomo Qá'iní, unu el la plej eminentaj poetoj de Persujo, estis la unua laŭdkanti pri Báb kaj laŭdegi la altecon de Lia posteno. Manuskripta ekzemplero de la poemoj de Qá'iní enhavanta tiujn ői versojn estis montrita al la auttoro de la historio. La jenaj vortoj, li diras, estis skribitaj őe la komenco de la laŭdo: »Je laŭdo pri la malkaĕo de Siyyid-i-Báb.«

[260] Vidu noton 1 paăo 18.

[261] En la "Dalá'il-i-Sab`ih" Báb revelacias jene: "La ḥádí »Áďľirbáyján« ankoraŭ rilatas tiel: »Tio, kio okazos en Áďľirbáyján estos tute necesa por ni; nenio povos malebligi tion, kio devos okazi tie. Restu do en viaj domoj; sed se vi aŭdos, ke agitisto aperis tie, tiam kuru al li.« Kaj ői tiu ḥádí plue diras: »Ve al la araboj, őar la interna milito alproksimiăas.« Se la Profeto, per tiuj ői lastaj vortoj, estus intencinta aludi al sia propra misio, ili estus vanaj kaj senvaloraj." ("La Libro de la Sep Pruvoj", traduko de A.L.M. Nicolasm o, 47,)

sama filino edziniĝu kun Báb. Ĉi tiu rifuzis, sed `Alí Khán ankoraŭ persistas en sia petego. Se ne estus pro la rifuzo de la malliberulo, la edziniĝo de la fraŭlino jam estus solenita.” `Alí Khán efektive faris tian peton kaj eĉ petegis Mullá ḥusaynon propeti pro li al Báb, sed li malsukcesis akiri Lian konsenton.

Ĉi tiuj malbonvolaj raportoj tuj influis ḥájí Mírzá Áqásíon. Timo kaj kontraŭsento denove instigis tiun kaprican ministron eldoni aŭtoritatan ordonon por translogigo de Báb al la kastelo de Chihríq.

Dudek tagojn post Naw-Rúz, Báb adiaŭis la loĝantojn de Máh-Kú, kiuj, cum Lia naŭmonata mallibereco, ekkonis ĝis rimarkinda grado la potencon de Lia personeco kaj la grandecon de Lia karaktero. Mullá ḥusayn, kiu, ĉe la ordono de Báb, estis jam foririnta el Máh-Kú, estis ankoraŭ en Tabríz, kiam la novaĵo pri la antaŭdirita translokigo al Chihríq de sia Majstro atingis lin. Adiaŭante Mullá ḥusaynon, Báb alparolis lin en la jenaj vortoj: “Vi piediris la tutan vojon el via naskprovinco tien ĉi. Piede vi same devas reiri, ĝis vi atingos vian celon; ĉar viaj tagoj de rajdarto ankoraŭ ne venis. Vi estas destinita elmontri tian kuraĝon, tiajn lertecon kaj heroecon, kiaj superos la plej potencajn farojn de la antikvaj herooj. Viaj kuraĝaj heroaĵoj gajnos la laŭdon kaj admiron de la loĝadantoj en la eterna Regno. Survoje vizitu la kredantojn de Khúy, de Urúmíyyih, de Marághih, de Mílán, de Tabríz, de Zanján, de Qazvín, kaj de ṭihrán. Al ĉiu vi transdonos la esprimojn de Miaj amo kaj amema korinklino. Vi strebos denove flamigi iliajn korojn per la fajro de la amo de la Belo de Dio kaj penos fortikigi ilian kredon je Lia Revelacio. El ṭihrán iru al Mázindarán, kie la kaŝita trezoro de Dio estos malkaŝita al vi. Oni vokos vin plenumi farojn tiel grandajn, ke ili malgrandigos la plej potencajn farojn de la pasinteco. La karaktero de via tasko estos tie malkovrita al vi, kaj forto kaj gvidado estos donitaj al vi por taŭgigi vin servi Lian Aferon.”

Matene de la naŭa tago post Naw-Rúz, Mullá ḥusayn, kiel ordonite de sia Majstro, ekvojiris al Mázindarán. Al Qambar-`Alí Báb alparolis la jenajn adiauajn vortojn: “Qambar-`Alí de la pasinta epoko glorus pro tio, ke lia samnomulo ĝisvivis vidi Tagon, al kiu eĉ Tiu,[262] kiu estis la Sinjoro de lia sinjoro, vane sopiris; pri kiu Li sopirege parolis: »Ke Miaj okuloj povu vidi la vizaĝojn de tiuj miaj fratoj, kiuj estis priviligitaj atingi Lian Tagon!«”

## *Ĉapitro XIV*
## *La Vojaĝo de Mullá ḥusayn al Mázindarán*

`Alí Khán kore invitis Mullá ḥusaynon resti kelkajn tagojn ĉe lia hejmo antaŭ sia foriro el Máh-Kú. Li esprimis egan deziron provizi ĉiun faciligaĵon por lia vojaĝo al Mázindarán. Tamen ĉi tiu rifuzis prokrasti sian foriron aŭ utiligi la komfortrimedojn, kiujn `Alí Khán tiel sindone disponigis al li.

Fidela al la instrukcioj, kiujn li ricevis, li haltis en ĉiu urbeto kaj vilaĝo, kiun Báb ordonis al li viziti, kunigis la kredantojn, transdonis al ili la amon, la salutojn, kaj la certigojn de ilia amata Majstro, vivigis denove ilian fervoregon, kaj kuraĝigis ilin resti konstantaj sur lia vojo. En ṭihrán li estis denove privilegiita eniri en la ĉeeston de Bahá’u’lláh kaj ricevi el liaj manoj la spiritan nutraĵon, kiu ebligis lin kun tiel sentima kuraĝo kontraŭstari la danĝerojn, kiuj tiel furioze atakis la lastajn tagojn de lia vivo.

El ṭihrán Mullá ḥusayn iris al Mázindarán, kun avida atendo vidi la malkaŝon de la kaŝita trezoro promesitan al li de sia Majstro. Tiutempe Quddús estis loĝanta en Bárfurúsh en la hejmo, kiu antaŭe apartenis al lia proprapatro. Li libere asociis kun ĉiuj klasoj de homoj, kaj per la mildeco de sia karaktero kaj la vasta amplekso de sia scio li gajnis la korinklinon kaj absolutan admiron de la loĝantoj de tiu urbeto. Ĉe sia alveno en tiun urbon Mullá ḥusayn iris rekte al la hejmo de Quddus kaj estis korinkline akceptita de li. Quddús mem servis sian gaston kaj faris sian plejon por provizi ĉion, kio ajn ŝajnis esti necesa por lia komforto. Per siaj propraj manoj li forigis la polvon kaj lavis la vezikigitan haŭton de liaj piedoj. Li proponis al li la honorlokon inter la aro de siaj kunigintaj amikoj, kaj enkondukis kun ega respekto ĉiun el la kredantoj, kiuj kunigis por konatiĝi kun li.

En la nokto de lia alveno, tuj kiam la kredantoj, kiuj estis invititaj al la vespermango por konatiĝi kun Mullá ḥusayn, jam reiris al siaj hejmoj, la gastiganto, turninte sin al sia gasto, petis, ĉu li priskribu al li pli detale siajn intimajn travivaĵojn kun Báb en la kastelo de Máh-Kú. *„Multaj kaj diversaj,”* respondis Mullá ḥusayn, *„estis la aferoj, kiujn mi aŭdis kaj vidis dum mia naŭtaga kunesto kun Li. Li parolis al mi pri aferoj rilatantaj kaj rekte kaj nerekte al Lia Kredo. Tamen, li donis al mi neniajn difinitajn ordonojn rilate al la celo, kiun mi penadu atingi por la propagando de Lia Afero. Ĉio, kion Li diris al mi, estis la jeno: »Survoje al* ṭihrán *vizitu la kredantojn en ĉiu urbeto kaj vilaĝo, kiun vi trapasos. El* ṭihrán *iru al* Mázindarán *, ĉar tie kuŝas kaŝita trezoro, kiu estos malkaŝita al vi; trezoro, kiu senvualigos al viaj okuloj la karakteron de la tasko, kiun vi estas destinita plenumi.« Per Liaj aludoj mi povis ekvidi, kvankam malklare, la gloron de Lia Revelacio, kaj mi povis distingi la signojn de la estonta supereco de Lia Afero. Per Liaj vortoj mi konstatis, ke fine mi estos vokita oferi malindan min sur Lia vojo. Ĉar antaŭe, kiam ajn li elsendus min el sia ĉeesto,* Báb *ĉiam certigis min, ke mi estos denove alvokita renkonti Lin. Tamen, tiun ĉi fojon, parolante al mi siajn adiaŭajn vortojn, li ne faris al mi tian promeson kaj Li ne aludis al la ebleco, ke mi iam renkontos Lin denove en ĉi tiu mondo. »La Festo de Ofero,« estis liaj lastaj vortoj al mi, »rapide alproksimiĝas. Leviĝu kaj streĉu vian penadon, kaj*

[262] Aludo al la Profeto Mahometo.

*nenio detenu vin de atingado de via destino. Atinginte vian destinon, pretiĝu por akcepti Nin, ĉar Ni ankaŭ post nelonge sekvos vin.«"*

Quddús demandis, ĉu li kunportis kun si iujn el la verkoj de sia Majstro, kaj informiĝinte, ke li havas neniujn kun si, donacis al sia gasto paĝojn el manuskripto, kiun li havis ĉe si, kaj petis lin legi kelkajn el ĝiaj frazoj. Tuj kiam li legis paĝon el tiu manuskripto, lia vizaĝo elmontris subitan kaj plenan ŝanĝon. Liaj trajtoj evidentiĝis nedifinan esprimon de admiro kaj surprizo. La alteco, la profundeco – super ĉio, la penetra influo de la vortoj kiujn li legis, igis egan agiton en lia koro kaj eligis la plejan laŭdon el liaj lipoj. Demetante la manuskripton, li diris: *„Mi povas bone konstati, ke la Aŭtoro de ĉi tiuj vortoj ĉerpis sian inspiron el tiu Fonto, kiu nemezureble superas la fontojn, el kiuj ordinare devenas la klereco de homoj. Per ĉi tio mi atestas al mia tutkora konfeso pri la altegeco de ĉi tiuj vortoj kaj pri mia senduba akcepto de la vero, kiun ili malkaŝas."* Pro la silento de Quddús, kiel ankaŭ pro la esprimo, kiun lia vizaĝo antaŭmontris, Mullá ḥusayn konkludis, ke neniu krom lia gastiganto povas skribi tiujn vortojn. Li tuj leviĝis de sia sidloko kaj, statante kapoklinite ĉe la pordosojlo, respektege deklaris, *„La kaŝita trezoro, pri kiu Báb parolis, nun estas senvualita antaŭ miaj okuloj. Ĝia lumo dispelis la mallumon de konfuzo kaj dubo. Kvankam mia Majstro estas nun kaŝita inter la montaj fortikaĵetoj de Ádhhirbáyján, la signo de lia brileco kaj la evidentigo de lia potenco malkaŝis sin al mi. Mi trovis en Mázindrán la rebrilon de lia gloro."*

Kiel serioza, kiel terurega estis la eraro de ḥájí Mírzá Áqásí! Ĉi tiu malsaĝa ministro vane supozis, ke, kondamninte Bábon al vivo de senespera ekzilo en malproksiman kaj izolan parton de Ádhirbáyján, li sukcesus kaŝi de la okuloj de siaj samlandanoj tiun Flamon de la senmorta Fajro de Dio. Li tute ne komprenis, ke per tio, ke li suprenmetis la lumon de Dio sur monteton, li helpas dissemi ĝian brilon kaj proklami ĝian gloron. Per siaj propraj faroj, per siaj miregigaj kalkuleraroj, anstataŭ kaŝi tiun ĉielan Flamon de la okuloj de la homaro, li eĉ plue elstarigis ĝin kaj helpis aksciti ĝian lumon. Aliflanke, kiel justa estis Mullá ḥusayn, kaj kiel sagaca kaj certa lia uĝkapablo! El tiuj, kiuj konis kaj vidis lin, neniu eĉ momente povis dubi la erudicion de ĉi tiu junulo, lian ĉarmon, liajn altan rektecon kaj miregigan kuraĝon. Se, post la morto de Siyyid Káẓim, li estus deklarita sin la promesita Qá'im, la plej eminentaj al lia aŭtoritato. Ĉu ne deklaris Mullá Muḥammad-i-Mámáqání, tiu konata kaj klera disĉiplo de Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í, post kiam Mullá ḥusayn konatigis lin en Tabríz kun la pretendoj de la nova Revelacio: *„Mi vokas Dion kiel mian atestanton! Se ĉi tiu pretendo, kiun* Siyyid-i-Báb *faris, estus antaŭenigita de ĉi tiu sama* Mullá ḥusayn, *pro liaj rimarkindaj ecoj kaj vasta scio mi estus estinta la unua probatali lian aferon kaj proklami ĝin al ĉiuj. Tiam, ĉar li elektis subiĝi al alia persono, mi ĉesis konfidi je liaj vortoj kaj rifuzas respondi al lia alvoko."* Ĉu Siyyid Muḥammad-Báqir-i-Rashtí, kiam li aŭdis Mullá ḥusaynon tiel kapable solvi la konfuzaĵojn, kiuj jam de longe afliktis lian animon, ne atestis en la jenaj ardaj vortoj al lia alta sciaĵo: *„Mi, kiu vane supozis min kapabla konfuzegi kaj slientigi* Siyyid Káẓim-i-Rashtí*on, konstatis, kiam mi unue renkontis kaj interparolis kun tiu, kiu pretendas esti nur lia humila disĉiplo, kiel dolorige mi eraris en mia juĝo. Tia estas la forto, per kiu ĉi tiu junulo ŝajnas esti dotita, ke, se li deklarus la tagon nokto, mi ankoraŭ kredus lin kapabla dedukti tiajn pruvojn, kiuj decidige elmontrus al la kleraj ekleziuloj la veron de lia deklaro."*

Eĉ en la nokto, kiam Mullá ḥusayn interrilatis kun Báb, kvankam unue konscia pri sia propra senlima supereco kaj ema malgrandigi la pretendojn antaŭenigitajn de filo de malalta komercisto de Shíráz, tamen li nepre sentis, tuj kiam lia Gastiganto komencis malkaŝi sian temon, la nekalkuleblajn profitojn kaŝitajn en Lia Revelacio. Li avide akceptis Lian Aferon kaj malestime forlasis ĉion, kio ajn malhelpus liajn proprajn penojn por bona kompreno kaj efektiva antaŭenigo de ĝiaj interesoj. Kaj kiam siatempe Mullá ḥusayn havis la okazon estimi la superegan belecon de la verkoj de Quddús, kun siaj kutima sagaceco kaj senerara juĝo li same povis taksi la verajn valoron kaj meriton de tiuj specialaj donacoj, per kiuj estis dotitaj kaj la personaĵo kaj la eldiroj de Quddús. La vasteco de lia propra akirita scio malgrandiĝegis antaŭ la ĉioĉirkaŭantaj, la Didonitaj virtoj, kiujn la spirito de ĉi tiu junulo elmontris. Eĉ en tiu momento li promesis senmortan lojalecon al tiu, kiu tiel potence respegulis la brilon de sia amata Majstro. Li sentis. ke estas lia unua devo subiĝi entute al Quddús, sekvi laŭ liajn piedosignojn, plenumi lian volon, kaj certigi per ĉiuj eblaj rimedoj liajn bonfarton kaj sendanĝerecon. Ĝis sia martiriĝa horo Mullá ḥusayn restis fidela al sia promeso. En la respektego, kiun li de nun montris al Quddús, li estis influata nur de firma kaj neŝanĝebla konvinko pri la realeco de tiuj supernaturaj talentoj, kiuj tiel klare diferencigis lin de liaj ceteraj kundisĉiploj. Neniu alia konsidero inklinigis lin montri tiajn respekton kaj humilon en sia konduto al persono, kiu ŝajnis esti nur lia egalulo. La ega envidpovo de Mullá ḥusayn rapide ekkomprenis la grandecon de la potenco kaŝita en li, kaj la nobleco de lia karaktero instigis lin dece elmontri sian ekkonon pri tiu vero.

Tiam aliĝis la sinteno de Mullá ḥusayn al Quddús, ke la kredantoj, kiuj kuniĝis en la sekvinta mateno en lian domon, estis ege surprizitaj trovi, ke la gasto, kiu en la antaŭa nokto okupis la honorlokon, kaj kiun onl superŝutis per tiaj bonvolo kaj gastameco, donis sian sidlokon al sia gastiganto kaj nun staras sialoke ĉe la sojlo en sintenado de plena humileco. La unuaj vortoj, per kiuj Quddús alparolis Mullá ḥusaynon antaŭ la amasĝintaj kredantoj, estis la jenaj: *„Nun, eĉ en ĉi tiu horo, vi devas leviĝi kaj, armita per la stango de saĝeco kaj de potenco, silentigi la aregon de la malbonaj konspirantoj, kiuj strebas senkreditigi la belan nomon de la Kredo de Dio. Vi devas kontraŭstari tiun popolamason kaj konfuzi ilian militistaron. Vi devas fidi je la favoro de Dio kaj konsideri iliajn konspirojn kiel senutilan provon malheligi la brilon de la Afero. Vi devas intervjui la* Sa`ídu'l-`Ulamá'*on, tiu malbonfama kaj falskora tirano, kaj sentime malkovri al li la distingajn ecojn de ĉi tiu Revelacio. El tie vi devas iri al* Khurásán. *En la urbeto* Mashhad *vi devas konstrui domon tiel, ke ĝi servu kiel nia privata loĝadejo kaj samtempe donu sufiĉajn faciligaĵojn por akcepti niajn gastojn. Tien ni vojaĝos post nelonge, kaj en tiu domo ni loĝados. Al ĝi invitu ĉiun impresiĝeman homon,*

*kiu, ni esperas, estos gvidita al la Rivero de eterma vivo. Ni pretigos kaj admonos ilin ariĝi kaj proklami la Aferon de Dio."*

Je sunleviĝo de la sekvinta tago Mullá ḥusayn iris intervjui la Sa`ídu'l-`Ulamá'on. Sola kaj sen ia ajn helpo li petis lian ĉeeston kaj transdonis al li, kiel ordonite de Quddús, la Revelacion de la nova Tago. Sentime kaj elokvente li petegis, meze de la disĉiplaro, por la Afero de sia amata Majstro, vokis lin detrui tiujn idolojn, kiujn lia propra fantazio ĉizis, kaj starigi sur iliajn frakasitajn fragmentojn la standardon de Dia gvidado. Li alpetis lin liberigi sian animon de la enkatenigaj kredoj de la pasinteco, kaj rapidi, libera kaj nemalhelpata, al la bordoj de eterna saviteco. Kun karakteriza forto li venkis ĉiun argumenton, per kiu tiu trompema sorĉanto penis refuti la veron de la Dia Revelacio, kaj malkaŝis per sia nerifutebla logiko la erarojn de ĉiu doktrino, kiun li penis proponi. Pro timo, ke lia disĉiplaro ne unuanime kolektiĝu ĉirkaŭ Mullá ḥusayn, la Sa`ídu'l-`Ulamá' turnis sin al la plej malnoblaj ruzoj kaj eldiris la plej insultemajn lingvaĵojn en la espero protekti la tutecon de sia posteno. Li ĵetegis siajn kalumniojn al Mullá ḥusayn, kaj, malestime ignorante la pruvojn kaj atestojn cititajn de sia kontraŭulo, memfideme asertis, tute malprave siaflanke, la senefikecon de la Afero , kiun li estis vokita akcepti. Tuj kiam Mullá ḥusayn konstatis lian tutan senkapablon ekkompreni la signifon de la Revelacio, kiun li alportis al li, li leviĝis de sia sidloko kaj diris: *„Mia argumento malsukcesis veki vin el via dormo de malatento. Miaj faroj en la estontaj tagoj pruvos al vi la potencon de la Revelacio, kiun vi elektis malami."* Li parolis tiel fervore kaj emocie, ke la Sa`ídu'l-`Ulamá' tute konfuziĝis. Tioma estis la konsterno de lia animo, ke li ne povis respondi. Mullá ḥusayn tiam turnis sin al ano el tiu aŭdantaro, kiu ŝajne sentis la influon de liaj vortoj, kaj ordonis lin rakonti al Quddús la detalojn de ĉi tiu intervjuo. *„Diru al li,"* li aldiris: *„»Ĉar vi ne precize ordonis al mi serĉi vian ĉeeston, mi decidis iri tuj al* Khurásán*. Mi iras plenumi entute tiujn aferojn, kiujn vi ordonis al mi, ke mi faru.«"*

Sola kaj kun koro tute dediĉita al nenio krom Dio, Mullá ḥusayn ekvojaĝis al Mashhad. Lia sola kunulo, dum li piediris al Khurásán, estis la penso plenumi fidele la dezirojn de Qúddus, kaj lia sola subteno la konscio pri sia ĉiama promeso. Li iris rekte al la hejmo de Mírzá Muḥammad-Báqir-i-Qá'iní, kaj baldaŭ ebliĝis al li aĉeti, en la cirkaŭaĵo de tiu domo en Bálá-Khíyábán, terpecon, sur kiu li komencis konstrui la domon ordonitan, kaj kiun li nomis Bábíyyih, nomo, kiun ĝi portas eĉ ĝis hodiaŭ. Baldaŭ post kiam ĝi estis finita Qúddus alvenis al Mashhad kaj loĝadis en tiu domo. Senĉesa amaso da vizitantoj, kiujn la energio kaj fervoro de Mullá ḥusayn pretigis por la akcepto de la Kredo, svarmis en la ĉeeston de Qúddus, ekkonis la pretendon de la Afero, kaj volonte varbiĝis sub ĝian standardon. La ĉioobservanta viglo, kun kiu Mullá ḥusayn laboris por dissemi la scion pri la nova Revelacio, kaj la majstra maniero, laŭ kiu Qúddus edifis ĝian ĉiam pligrandigantan aligintaron, igis ondon de entuziasmo, kiu ekkaptis la tutan urbon Mashhad, kaj kies efikoj disvastiĝis rapide preter la limojn de Khurásán . La domo Bábíyyih baldaŭ aliĝis en kolektiĝan centron por entuziasmularo, kiu flamiĝis per nefleksebla deziro elmontri per ĉiuj rimedoj la grandajn enestantajn energiojn de sia Kredo.

## *Ĉapitro XV*
## *La Vojaĝo de ṭáhirih el Karbilá al Khurásán*

Dum alproksimiĝis la difinita horo, kiam, laŭ la spiritordoj de Providenco, estis disŝirota la vualo, kiu ankoraŭ kaŝis la fundamentajn verojn de la Kredo, ekflamiĝis en la mezo de Khurásán flamo de tiel forbruliganta fortego, ke foriĝis kaj malaperis la plej timigaj malhelpoj rilate al fina ekkono de la Afero.[263] Tiu fajro estigis tian brulegadon en la homaj koroj, ke eĉ en la plej eksteraj provincoj de Persujo oni sentis la efikojn de ĝia reviviga potenco. Ĝi malaperis ĉiun signon de senfido kaj dubo, kiu ankonaŭ restis en la koroj de la kredantoj, kaj kiu ĝis nun malhelpis ilin konsciiĝi pri la plena grado de ĝia gloro. La dekreto de la malamiko kondamnis al ĉiama izoleco Tiun, kiu estis la enkorpigo de la belo de Dio; kaj per tio klopodis estingi por ĉiam la flamon de Lia amo. Tamen, en la tempo, kiam la arego de malbonfaruloj sekrete konspiris kontraŭ Li, la mano de Ĉiopovo okupiĝadis je konfuzego de iliaj intrigoj kaj nuligo de iliaj penoj. En la plej orienta provinco de Persujo, la Plejpotenculo, pere de la mano de Quddús, ekbrulis fajron, kiu brulis kun varmega flamo en la brustoj de la loĝantoj de Khurásán. Kaj en Karbilá, preter la okcidentaj limoj de tiu lando, Li ekbruligis la lumon de ṭáhirih, lumon, kiu estis destinita lumigi la tutan Persujon. El la oriento kaj el la okcidento de tiu lando, la voĉo de la Nevidato alvokis al tiuj duopaj lumegoj rapidi al la lando ṭá, [264] la fonto de gloro, la hejmo de Bahá'u'lláh. Li ordonis al ĉiu el ili serĉi la ĉeeston kaj turni sin al la penadojn, kaj pretigi la vojon por Lia alproksimiĝanta Revelacio.

En la tagoj, kiam Quddús estis ankoraŭ loĝanta en Mashhad, sekve de la Dia dekreto, estis revelaciita el la plumo de Báb Tabuleto skribita al ĉiuj kredantoj de Persujo, en kiu ĉiu lojala aliĝinto de la Kredo estis ordonita *„rapidi al la*

[263] "Neniu miros sciiăi," skribas Clément Huart, "Ke la nova sekto disvastiăis en Ňľurásán pli rapide, ol en iu alia loko. Ňľurásán havas tiun maloftan sorton, ke novaj ideoj őiam trovas tie la plej favoran kampon; estas el ői tiu provinco, ke elvenis multaj revolucioj, kiuj aliformigis aferojn en la mahometana oriento; sufiőas rememorigi, ke estas en Ňľurásán, ke komenciăis la ideo pri la renovigo de Persujo post la araba venko, kaj ke estas tie, ke organizis sin la armeo, kiu, laů la ordonoj de Abú-Muslim, sidigis la Abbassidojn sur la tronon de la Ňľalífoj per tio, ke ăi renversis la aristokrataron en Mekko, kiu okupis ăin de post la surtroniăo de la Umayyadoj." ("La Religio de Báb," pp. l8-l9.)

[264] ṭihrán.

*Lando Khá,"* la provinco Khurásán.[265] La novaĵo pri ĉi tiu alta admono disvastiĝis kun mirinda rapideco kaj ĉie ekscitis entuzjasmon. Ĝi atingis la orelojn de ṭáhirih, kiu en tiu tempo loĝis en Karbilá kaj streĉis ĉiun penon plivastigi la amplekson de la Kredo, kiun ŝi alprenis.[266] Ŝi jam forlasis naskiĝurbeton Qazvín kaj alvenis, post la morto de Siyyid Káẓim, al tiu sankta urbo, avide atendanta vidi tiujn signojn, kiujn la mortinta siyyid antaŭdiris. En la antaŭaj paĝoj ni vidis, kiel instinkte ŝi estis gvidita eltrovi la Revelacion de Báb kaj kiel spontane ŝi akceptis ĝian veron. Neavertita kaj neinvitita, ŝi ekvidis la lumon de la Revelacio tagiĝantan sur la urbon Shíráz, kaj estis instigita skribi sian komunikon kaj konfesi sian fidelon al Tiu, kiu estis la Revelacianto de tiu lumo.

La tuja respondo de Báb al ŝia kredodeklaro, kiun ŝi estis instigita fari eĉ ne atinginte Lian ĉeeston, vivigis ŝian fervoron kaj ege pligrandigis ŝian kuraĝon. Ŝi leviĝis por disvastigi Liajn instruojn, insiste denuncis la korupton kaj obstinegon de sia generacio, kaj sentime rekomendis fundamentan revolucion de la kutimoj kaj moroj de sia popolo.[267] Ŝia nesubigebla spirito estis revivigita per la fajro de ŝia amo al Báb, kaj la gloro de ŝia vizio estis plialtigita per eltrovo de la netakseblaj benoj kaŝitaj en Lia Revelacio. La ennaskita sentimo kaj forto de ŝia karaktero estis centoble plifortigitaj per ŝia neŝancelebra konvinko pri la fina triumfo de la Afero, kiun ŝi akceptis; kaj ŝia senlima energio estis revivigita per ŝia ekkono de la daŭra valoro de la Misio, kiun ŝi leviĝis por probatali. Ĉiuj, kiuj konatiĝis kun ŝi en Karbilá, estis allogitaj per ŝia ensorĉa elokventeco kaj sentis la allogon de ŝiaj vortoj. Neniu povis rezisti ŝian ĉarmon; malmultaj povis eviti la konatiĝon de ŝia kredo. Ĉiuj atestis la eksterordinarajn ecojn de ŝia karaktero, miris pri ŝia miriga personeco, kaj konvinkiĝis pri la sincereco de ŝiaj konvinkoj.

Ŝi sukcesis aligi al la Afero la respektegitan vidvinon de Siyyid Káẓim, kiu naskiĝis en Shíráz, kaj kiu estis la unua virino en Karbilá, kiu ekkonis ĝian veron. Mi aŭdis Shaykh Sulṭánon priskribi ŝian egan sindonon al ṭáhirih, kiun ŝi respektis kiel sian spiritan gvidantinon kaj estimis kiel sian korinklinan kunulinon. Li estis fervora admiranto ankaŭ de la karaktero de la vidvino de la Siyyid, kies mildan sintenadon li ofte varme laŭdis. *„Tioma estis ŝia korinklino al ṭáhirih,"* oni ofte aŭdis Shaykh Sulṭánon rimarkigi, *„ke ŝi tute ne volis lasi tiun heroinon, kiu estis gastino en ŝia domo, foresti de ŝi eĉ dum horo. Tiel granda korinklino ŝiaflanka nepre ekscitis la scivolon kaj revivigis la kredon de ŝiaj amikinoj, kaj persaj kaj arabaj, kiuj vizitadis ĉe ŝia hejmo. En la unua jaro de ŝia akcepto de la Revelacio, ŝi subite malsaniĝis, kaj post tri tagoj, kiel okazis ankaŭ al Siyyid Káẓim, ŝi mortis."*

Inter la virinoj en Karbilá, kiuj avide akceptis la Aferon de Báb pere de ṭáhirih, estis certa Shaykh ṣáliḥ, araba loĝanto de tiu urbo, kiu estis la unua, kiu verŝis sian sangon sur la vojo de la Kredo, en ṭihrán. Ŝi tiel laŭdegis Shaykh ṣáliḥon, ke kelkaj suspektis, ke li estas egalranga al Quddús. Shaykh Sulṭán estis ankaŭ inter tiuj, kiuj ensorĉiĝis pri ṭáhirih. Reirinte el Shíráz, li dediĉis sin al la Kredo, sentime kaj diligente antaŭenigis ĝiajn interesojn, kaj faris sian plejon por plenumi ŝiajn instrukciojn kaj dezirojn. Alia admiranto estis Shaykh Muḥammad-i-Shibl, patro de Muḥammad-Muṣṭafá, araba naskiĝinto de Baghdád, kiu altrangis inter la ulemoj de tiu urbo. Per la helpo de ĉi tiu elektita aro de fidelaj kaj kapablaj subtenantoj, ebliĝis al ṭáhirih flamigi la imagon kaj varbi la lojalecon de sufiĉe granda aro de la persaj kaj arabaj loĝantoj de `Iráq, la plimulto el kiuj estis inklinigitaj de ŝi kuniĝi kun tiuj el siaj fratoj en Persujo, kiuj estis baldaŭ alvokotaj formi per siaj faroj la destinon, kaj sigeli per sia vivosango la triumfon, de la Afero de Dio.

La alvoko de Báb, kiu estis unue skribita al Liaj sekvantoj en Persujo, estis baldaŭ transsendita al la aliĝintoj de Lia Kredo en `Iráq. ṭáhirih glore respondis. Ŝian ekzemplon tuj sekvis granda aro de ŝiaj fidelaj admirantoj, kiuj esprimis ĉiuj sian pretecon vojaĝi al Khurásán. La ulemoj de Karbilá klopodis malkonsili al ŝi tiun vojaĝon. Tuj eksentinte la motivon, kiu instigis ilin proponi al ĉiu el ĉi tiuj sofistoj detalan epistolon, en kiu ŝi klarigis siajn motivojn kaj malkaŝis ilian hipokritecon.[268]

El Karbilá ŝi iris al Baghdád.[269] Reprezentiga delegitaro, konsistanta el la plej kapablaj ĉefoj inter la ŝiana, la sumana, la kristana kaj la juda komunumoj de tiu urbo, iris al ŝi kaj penis konvinki ŝin pri la malsaĝeco de ŝiaj agoj. Tamen, ŝi

---

[265] "Oni kredas," skribas leŭt. -kol. P. M. Sykes, "ke la dekdua Imám neniam mortis, sed ke en p. H. 260 (873) li malaperis en miraklan kaĕadon, el kio li reaperos en la Juăotago en la moskeon Gawhar-Šľád en Mašľhad, ke li estos salutota kiel Mihdí aŭ »Gvidato,«kaj ke li plenigos la teron per justeco." ("Historio pri Persujo," vol. 2, p. 45.)

[266] La Muḥammad Muṣṭafá (p.l08), ṭáhirih alvenis Karbiláon en la jaro l263 p. H. Ĕi vizitis Kúfihon kaj őirkaŭaŕon, kaj okupiăis je disvastigo de la instruoj de Báb. Ĕi konfidis al tiuj personoj, kiuj ĕi renkontis, la verkojn de sia Majstro, inter kiuj estis Lia komentario pri Súrih de Kawťľar.

[267] "Estis en sia familio, ke ĕi unue aŭdis pri la predikoj de Báb en Šľíráz kaj pri la karaktero de la doktrinoj, kiujn Li predikis. Tio, pri kio ĕi ricevis informon, kvankam neplena kaj neperfekta, ege plaőis al ĕi. Ĕi ekkorespondis kun Báb kaj baldaŭ akceptis őiujn liajn ideojn. Ĕi ne kontentiăis per pasiva kunsento; ĕi konfesis publike la kredon de sia Majstro; ĕi malkaĕe kaj firme parolis ne nur kontraŭ poligamio, sed kontraŭ portado de la vualo, kaj aperis nevualita inter la publiko, je la granda teruro kaj granda skandalo de sia familio kaj de őiuj sinceraj mahometanoj, sed je la aplaŭdoj de jam multaj personoj, kiuj partoprenis ĕian entuzjasmon kaj kies anaron pligrandigis ĕiaj publikaj predikoj. Ĕia kuracista onklo, ĕia jurista patro, ĕia edzo, ői amaniere penis rekonduki ĕin almenaŭ al pli kvieta kaj pli sindetena konduto. Ĕi repuĕis ilim per nerespondeblaj argumentoj devene de kredo neripoziga." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," de la Comte de Gobineau, pp. l37-8.)

[268] Laŭ Samandar (manuskripto, p. 9) la őefa kialo de la maltrankvilo de la loăantoj de Karbilá, kiu igis inin akuzi ṭáhirihon antaŭ la guberniestro de Baŕľdád, estis ĕia sentimo pri tio, ke ĕi malsolenigis la datrevenon de la martirigo de ḥusayn, kiun oni memorsolenigis en la fruaj tagoj de la monato Muḥarram en la domo de la nun mortinta Siyyid Káýim en Karbilá, kaj anstataŭ festis la datrevenon de la naskiădato de Báb, kiu okazis la unuan tagon de tiu monato. Oni diras, ke ĕi petis sian fratinon kaj parencojn forŕeti siajn funebrajn vestojn kaj porti anstataŭ gajajn vestojn, tute spite la morojn kaj tradiciojn de la homoj en tiu okazo.

[269] Laŭ Muḥammad Muṣṭafá (pp. l08-9), la jenaj disőiploj kaj kunuloj estis kun ṭáhirih, kiam ĕi alvenis en Baŕľdádon" Mullá Ibráhím-i-Maḥallatí, Šľayňľ ṣáliḥ-i-Karímí, Siyyid Aḥmad-i-Yazdí (patro de Siyyid ḥusayn, diktaskribisto de Báb), Siyyid Muḥammad-i-Báyigání, Šľayňľ Sulṭán-i-Karbilá'í, la patrino de Mullá ḥusayn kaj ĕia filino, la edzino de Mírzá Hádíy-i-Nahrí kaj lia patrino. Laŭ la "Kašľfu'l-Ŕľiṭá'" (p. 94), la patrino kaj fratino de Mullá ḥusayn estis inter tiuj sinjorinoj kaj disőiploj, kiuj akompanis ṭáhirihon dum ĕia vojaăo el Karbilá al Baŕľdád. Őe sia alveno ili ekloăis en la domon de Šľayňľ Muḥammad-ibn-i-Šľiblu'l-`Aráqí, post kio ili estis translogigitaj, laŭ ordono de la guberniestro de Baŕľdád, al

kapablis silentigi iliajn protestadojn kaj miregigis ilin per la forto de siaj argumentoj. Seniluziigitaj kaj konfuzitaj, ili retiriĝis, profunde konsciaj pri sia propra senpovo.[270]

La ulemoj de Kirmánsháh respekteme akceptis ŝin kaj per diversaj signoj elmontris al ŝi siajn estimon kaj admiron.[271] Tamen Hamadán[272] la ekleziaj ĉefoj de la urbo malakordiĝis en sia sintenado al ŝi. Kelkaj klopodis sekrete inciti la loĝantojn kaj detrui ŝian prestiĝon; aliaj estis instigitaj malkaŝe laŭdi ŝian virtecon kaj aplaŭdi ŝian kuraĝon. *„Decas al ni,”* ĉi tiuj amikoj deklaris el siaj katedroj, *„sekvi ŝian noblan ekzemplon kaj respektege peti ŝin solvi por ni la misterojn de la Korano kaj klarigi la malsimplecojn de la sankta Libro. Ĉar nia plej alta klereco estas nur guto kompare al la vasteco de ŝia scio.”* En Hamadán ṭáhirih estis rekonita de tiuj, kiujn ŝia patro, ḥájí Mullá ṣáliḥ, sendis el Qazvín por bonvenigi kaj lianome instigi ŝin viziti sian naskiĝurbeton kaj plilongigi sian reston inter ili.[273] Ŝi nevole konsentis. Antaŭ ol ŝi foriris, ŝi ordonis al tiuj, kiuj akompanis ŝin al `Iráq, iri al sia partujo. Inter ili estis Shaykh Sulṭán, Shaykh Muḥammad-i-Shibl kaj lia junula filo Muḥammad-Muṣṭafá, `Ábid kaj lia filo Náṣir, al kiu poste estis donita la nomo ḥájí `Abbás. Tiuj el ŝiaj kunuloj, kiuj jam loĝis en Persujo, kiel Siyyid Muḥammad-i-Gulpáyigání, kies plumnomo estis ṭá'ir, kaj kiun ṭáhirih nomis Fata'l-Malíḥ, kaj aliaj, estis ankaŭ ordonitaj reiri hejmen. Nur du el ŝiaj kunuloj restis kun ŝi – Shaykh ṣáliḥ kaj Mullá Ibráhím-i-Gulpáyigání, kiuj ambaŭ trinkegis la pokalon de martireco, la unua en ṭihrán kaj la alia en Qazvín. El ŝiaj propraj parencoj, Mírzá Muḥammad-`Alí, unu el la Literoj de la Vivanto kaj ŝia bofrato, kaj Siyyid `Abdu'l-Hádí, kiu estis fianĉiĝinta al sia filino, vojaĝis kun ŝi la tutan vojon el Karbilá al Qazvín.

Ĉe ŝia alveno al la domo de ŝia patro, ŝia kuzo, la fierega kaj falskora Mullá Muḥammad, filo de Mullá Taqí, kiu konsideris sin, krom siaj patro kaj onklo, la plej kapabla el ĉiuj mujtahidoj de Persujo, sendis certajn sinjorinojn el sia propra domanaro por inklinigi ṭáhirihon translokigi sian loĝadejon el la domo de sia patro al la lia. *„Diru al mia malhumila kaj aroganta parenco,”* estis ŝia kuraĝa respondo al la senditinoj: *„»Se vi estus dezirinta esti fidela kunulo kaj kunvivanto al mi, vi estus rapidinta renkonti min en Karbilá kaj piede estus gvidinta mian howdahon[274] tutvoje al Qazvín. Vojaĝante kun vi, mi estus vekinta vin el via dormo de senatento kaj estus montrinta al vi la vojon de vero. Sed tio ne estis okazonta. Tri jaroj jam pasis de post nia disiĝo. Nek en ĉi tiu mondo nek en la alia mi povos iam asocii kun vi. Mi elĵetis vin el mia vivo por ĉiam.«”*

Tiel severa kaj necedema respondo ege ekfuriozigis kaj Mullá Muḥammadon kaj lian patron. Ili tuj deklaris ŝin herezulino, kaj tage kaj nokte strebis ekdetrui ŝian rangon kaj makuli ŝian famon. ṭáhirih fervore defendis sin kaj persistis malkaŝi la malvirtecon de iliaj karakteroj.[275] Ŝia patro, pacema kaj justkora viro, bedaŭregis tiun ĉi akran disputon kaj penis estigi repacon kaj akordon inter ili, sed li malsukcesis en siaj penoj.

Ĉi tiu streĉo daŭris ĝis la tempo, kiam certa Mullá `Abdu'lláh, naskiĝinto en Shíráz, kaj fervora admiranto de ambaŭ Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim, alvenis en Qazvínon komence de la monato Ramaḍán, en la jaro 1263 p. H.[276] Poste, kiam li estis juĝata en ṭihrán, en la ĉeesto de la ṣáḥib-Díván, ĉi tiu sama Mullá `Abdu'lláh rakontis la jenon: *„Mi neniam estis konvinkita bábano. Kiam mi alvenis al Qazvín, mi estis survoje al Máh-Kú kun la intenco viziti Bábon kaj esplori la karakteron de Lia Afero. En la tago de mia alveno al Qazvín, mi eksciis, ke en la urbeto estas stato de ega tumulto. Pasante tra la vendistarejo, mi vidis amason da brutuloj, kiuj senigis viron de liaj kapvesto kaj ŝuoj, volvis lian turbanon ĉirkaŭ lian kolon kaj per ĝi estis trenantaj lin tra la stratoj. Kolera popolamaso turmentis lin per siaj minacoj, siaj batoj kaj malbenoj. »Lia nepardonebla kulpo« oni diris responde al mia demando, »estas, ke li kuraĝis laŭdi*

---

la domo de la Muftí, Siyyid Mahmúd-i-Álúsí, la eminenta aŭtoro de la konata komentario titolita "Rúḥu`l-Ma`ání," ăis ricevo de novaj instrukcioj de la Sulṭáno en Konstantinopolo. La „Kašľfu'l-Řľiṭá'" plie aldonas (p. 96), ke en la „Rúḥu'l-Ma`ání" oni laůdire trovis aludojn al la konversacioj inter Muftí kaj ṭáhirih, al kiu, oni diras, li arparolis jenajn vortojn: "Ho Qurratu'l-`Ayn! Mi ŕuras je Dio, ke mi partoprenas vian kredon. Tamen mi antaůtimas la glavojn de la familio `Uťľmán." "Ěi iris rekte al la domo de la őefa Muftí, antaů kiu ěi defendis sian kredon kaj sian konduton kun granda kapablo. La demandon, őu oni permesu al ěi daůrigi sian instruadon, oni antaůmetis unue antaů la paěahon de Baťľdád kaj tiam antaů la centran registraron, kaj la rezulto estis, ke oni ordonis ěin forlasi turkan teritorion." (Historio de Vojaăanto," Noto Q, pp. 214-15.)

[270] Laů Muḥammad Muṣṭafá (p. 111), la jenaj akompanis ṭáhirihon el Ňľániqín (őe la persa landlimo) al Kirmánšľáh: Šľayňľ ṣáliḥ-i-Karímí, Šľayňľ Muḥammad-i-Šľibl, Šľayňľ Sulṭán-i-Karbilá'í, Siyyid Aḥmad-i-Yazdí, Siyyid Muḥammad-i-Báyigání, Siyyid Muḥsin-i-Káýimí, Mullá Ibráhím-i-Maḥallátí, kune kun őirkaů tridek arabaj kredantoj. Ili restis tri tagojn en la vilaăo Karand, kie ṭáhirih sentime proklamis la instruojn de Báb kaj plene sukcesis eksciti la intereson de őiuj klasoj de homoj pri la nova Revelacio. Dekdu-cent personoj laůdire sinproponis sekvi ěin kaj obeadi al ěi.

[271] Laů Muḥammad Muṣṭafá (p. 112), oni entuzjasme akceptis ěin őe ěia alveno en Kirmánšľáhon. Princoj, ulemoj kaj registraj oficiroj rapidis viziti ěin, kaj ege impresiăis pro ěia elokventeco, ěia sentimo, ěia vasta scio, kaj la forto de ěia karaktero. La komentario pri la Súrih de Kawťľar, revelaciita de Báb, estis publike legita kaj tradukita. La edzino de la Amír, guberniestro de Kirmánšľáh, estis inter tiuj sinjorinoj, kiuj konatiăis kun ṭáhirih kaj aůdis ěin klarigi la sanktajn instruojn. La Amír mem, kune kun sia familio, akceptis la veron de la Afero kaj atestis sian admiron kaj amon al ṭáhirih. Laů Muḥammad Muṣṭafá (p. 116), ṭáhirih restis du tagojn en la vilaăo ṣaḥnih survoje al Hamadán, kie oni akceptis ěin ne malpli entuzjasme, ol kiam oni salutis ěin en la vilaăo Karand. La loăantoj de la vilaăo petegis permeson kunigi la anojn de sia komunumo kaj aliăi al ěia sekvantaro por disvastigi kaj antaůenigi la Aferon. Tamen ěi konsilis al ili resti, laůdis kaj benis iliajn penadojn, kaj iris al Hamadán.

[272] Laů "Memoraŕoj de la Kredantoj" (p. 275). ṭáhirih restis du monatojn en Hamadán.

[273] Laů Muḥammad Muṣṭafá (p. 117), inter tiuj, kiuj estis senditaj el Qazvín, estis la fratoj de ṭáhirih.

[274] Vidu la Glosaron.

[275] "Kiel virino, estaŕo tiel malforta en Persujo, kaj precipe en urbo kiel Qazvín, kie la ekleziularo posedas tiel grandan influon, kie la ulemoj, pro siaj grandnombro kaj graveco, altiras la atenton de la registraro kaj de la popolo, -- kiel povis esti, ke ăuste tie, sub tiel malfavoraj kondiőoj, virino povis organizi tiel potencan partion de herezuloj? Tio estas demando, kiu iomete konfuzas eő la persan historiiston Sipihr; tio estis ja senekzempla antaůe." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p. 474.)

[276] 13. Aůgusto - 12. Septembro, 1847. p. Kr.

*publike la virtojn de Shaykh Aḥmad kaj Siyyid Káẓim. Sekve, ḥájí Mullá Taqí, la ḥujjatu'l-Islám, deklaris lin herezulo kaj dekretis lian elpelon el la urbeto.«*

*Mi miris pri tiu klarigo. Kiel, mi pensis al mi, shaykho povas esti konsiderata kiel herezulo kaj inda je tiel kruela traktado? Dezirante eklerni de Mullá Taqí mem pri la vero de tiu ĉi raporto, mi foriris al lia lernejo kaj demandis, ĉu li efektive deklaris tian kondamnon kontraŭ li. »Jes,« li nekaŝeme respondis, »la dio, kiun la mortinta Shaykh Aḥmad-i-Baḥrayní adoris, estas dio, je kiu mi neniam povos kredi. Lin, kiel ankaŭ liajn sekvantojn, mi ja konsideras kiel la enkorpiĝojn de eraro.« Mi sentis min instigita eĉ en tiu momento bati lian vizaĝon en la ĉeesto de lia disĉiplaro. Tamen, mi detenis min, kaj ĵurpromesis, ke, se plaĉos al Dio, mi traboros liajn lipojn per mia lanco, por ke li neniam denove povu eldiri tian blasfemon.*

*Mi tuj forlasis lian ĉeeston kaj iris al la vendejo, kie mi aĉetis ponardon kaj lancpinton el plej akra kaj plej bona ŝtalo. Mi kaŝis ilin ĉebrusten, preta kontentigi la pasion, kiu brulis en mi. Mi estis atendanta oportunan tempon, kiam, unu nokton, mi eliris en la masjidon, en kiu li kutimis gvidadi la kongregacion dum preĝo. Mi atendis ĝis tagiĝo ĉebrusten, preta kontentigi la pasion, kiu brulis en mi. Mi estis atendanta oportunan tempon, kiam, unu nokton, mi eniris en la masjidon, en kiu li kutimis gvidadi la kongregacion dum preĝo. Mi atendis ĝis tagiĝo, kiam mi vidis maljunulinon enirintanen la masjidon, portantan kun si tapiŝeton, kiun ŝi sternis sur la plankon de la miḥráb.* [277] *Baldaŭ poste mi vidis Mullá Taqíon eniri sola, piediri al la miḥráb, kaj preĝi. Singardeme kaj silente mi sekvis lin kaj staris malantaŭ li. Li estis sternanta sin sur la plankon, kiam mi ĵetegis min sur lin, eltiris mian lancpinton kaj enigis ĝin en lian nukon. Li laŭtkriis. Mi dorsenĵetis lin kaj, elinginte mian ponardon, ĝistenile enigis ĝin en lian buŝon. Per la sama ponardo mi vundis lin kelkaloke en lia brusto kaj flanko, kaj lasis lin sangadantan en la miḥráb.*

*Mi supreniris tuj surlategmenton de la masjid kaj observis la frenezon kaj maltrankvilon de la popolamaso. Amaso enkuregis kaj, metinte lin sur portilon, transportis lin al lia domo. Senkapablaj identigi la murdinton, la homoj kaptis la okazon kontentigi siajn plejmalbonajn instinktojn. Ili ĵetegis sin al la gorĝoj unu de la alia, perforte atakis kaj reciproke akuzis unu la alian en la ĉeesto de la guberniestro. Sciiĝinte, ke granda aro da senkulpuloj estis serioze turmentitaj kaj malliberigitaj, mi estis instigita de la voĉo de mia konscienco konfesi mian agon. Mi do iris al la guberniestro kaj diris al li: »Se mi transkondukos al vi la aŭtoron de tiu ĉi murdo, ĉu vi promesos liberigi ĉiujn senkulpulojn, kiuj suferas anstataŭ li? « Tuj , kiam mi akiris de li la necesan certigon, mi konfesis al li, ke mi faris la agon. Unue li ne emis kredi min. Ĉe mia peto li alvokis la maljunulinon, kiu sternis la tapiŝeton en la miḥráb, sed li rifuzis konvinkiĝi pri ŝia atesto. Oni fine kondukis min al la lito Mullá Taqí, kiu estis mortanta. Tuj kiam li vidis min li rekonis miajn trajtojn. En sia agito li fingromontris al mi, signante, ke mi atakis lin. Li signis sian deziron, ke mi estu forigita el lia ĉeesto. Baldaŭ poste li mortis. Oni tuj arestis min, kondamnis min pri murdo, kaj malliberigis min. Tamen, la guberniestro ne plenumis sian promeson kaj rifuzis liberigi la malliberulojn."*

La malkaŝemo kaj sincereco de Mullá `Abdu'lláh multe plaĉis al la ṣáḥib-Díván. Li sekrete ordonis al siaj deĵorantoj, ke ili ebligu al li eskapi el la malliberejo. Noktomeze la malliberulo rifuĝis en la hejmon de Riḍá Khán-i-Sardár, kiu antaŭnelonge edziĝis kun fratino de la Sipah-Sálár, kaj li restis kaŝita en tiu domo ĝis la granda batalo de Shaykh ṭabarsí, kiam li decidis partopreni la sorton de la heroaj defendantoj de la fortikaĵo. Li, kiel ankaŭ Riḍá Khán, kiu sekvis lin al Mázindarán, trinkegis fine la pokalon de martireco.

La cirkonstancoj de la murdo furiozigis la koleregon de la laŭleĝaj heredantoj de Mullá Taqí, kiuj nun decidis elfari sian venĝon sur ṭáhirihon. Ili sukcesis plej severe malliberigi ŝin en la domon de ŝia patro, kaj ordonis al tiuj virinoj, kiujn ili elektis por gardi ŝin, ke ili ne permesu al sia malliberulino forlasi sian ĉambron krom por la ĉiutaga lavado. Ili akuzis ŝin kiel la efektivan instigintinon de la krimo. „Neniu krom vi, „ ili asertis, „estas kulpa , pri la murdo de nia patro. Vi donis la ordonon por lia murdo."Tiujn, kiujn ili arestis kaj malliberigis ili kondukis al ṭihrán kaj enkarcerigis en la hejmon. de unu el la kad-khudáoj[278] de la ĉefurbo. La amikoj kaj heredantoj de Mullá Taqí diiĝis ĉien, denuncante siajn malliberulojn kiel malkonfesintojn de la leĝo de Islámo kaj postulante, ke ili estu tuj mortigitaj.

Bahá'u'lláh, kiu en tiu tempo estis loĝadanta en ṭihrán, estis informita pri la stato de ĉi tiuj malliberuloj, kiuj estis la kunuloj kaj subtenantoj de ṭáhirih. Ĉar Li jam konis la kad-khudáon, en kies hejmo ili estis enkarcerigitaj, Li decidis viziti ilin kaj interveni pro ili. Esperante akiri avara kaj ruzema oficiro, kiu bone sciis la egan malavarecon de Bahá'u'lláh, ege troigis la malbonsorton, kiu okazis al la malfeliĉaj malliberuloj. „Ili ne havas eĉ la plej simplajn vivnecesaĵojn," petegis la kad-khudá. „Ili malsatas, ke iliaj vestoj estas treege nesufiĉaj." Bahá'u'lláh transdonis tujan monhelpon por ili, kaj instigis al la kad-khudá moderigi la severecon de la regado, sub kiu ili estis malloberigitaj. Ĉi tiu konsentis malseverigi la staton de kelkaj, kiuj ne povis subteni la subpreman ŝarĝon de siaj katenoj, kaj por la ceteraj li faris kion ajn li povis por moderigi la rigoron de ilia malliberec̈o. Instigita de avideco, li informis siajn superulojn pri la situacio, kaj emfazis la fakton, ke kaj nutraĵo kaj mono estas regule provizataj de Bahá'u'lláh por tiuj malliberuloj en lia domo.

Ĉi tiuj oficiuloj estis siavice tentataj akiri ĉiun eblan profiton el la malavareco de Bahá'u'lláh. Ili alvokis Lin al si, protestis Lian agon, kaj akuzis Lin pri kunkulpeco en tiu ago, pro kiu la malliberuloj estis kondamnitaj. *„La kad-*

---

[277] Vidu la Glosaron.

[278] Vidu la Glosaron.

khudá,*"* respondis Bahá'u'lláh, *„propetis por ili ankaŭ Mi kaj detale priskribis iliajn suferojn kaj bezonojn. Li mem atestis ilian senkulpon kaj alpetis helpon de Mi. Kontraŭ la helpo, kiun, responde al lia invito, Mi sentis min instigita transdoni, vi nun akuzas Min pri krimo, pri kiu mi estas senkulpa."* Esperante timigi Bahá'u'lláhon per minaco de tuja puno, ili rifuzis permesi Lin iri hejmen. La malliberiĝo, al kiu Li estis subigita, estis la unua aflikto, kiu okazis al Bahá'u'lláh sul la vojo de la Afero de Dio; la unua malliberiĝo, kiun Li suferis pro siaj amatoj. Li estis malliberigita dum kelkaj tagoj, ĝis Ja`far-Qulí Khán, frato de Mírzá Áqá Khán-i-Núrí, kiu poste estis elektita ĉefveziro de la ŝaho, kaj aro de aliaj amikoj, intervenis pro Li kaj, severe minacinte la kad-khudáon, sukcesis efektivigi Lian liberigon. Tiuj, kiuj estigis Lian malliberigon, memfideme esperis ricevi sumon de mil túmánoj[279] kontraŭ Lia liberigo, sed ili baldaŭ eltrovis, ke ili devas plenumi la dezirojn de Ja`far-Qulí Khán sen la espero ricevi, aŭ de li aŭ de Bahá'u'lláh, eĉ la plej malgrandan rekompenson. Kun multegaj pardonpetoj kaj kun pleja bedaŭro ili cedis sian Malliberulon al li.

La heredantoj de Mullá Taqí dume streĉis ĉiun penon por venĝi la sangon de sia eminenta parenco. Nekontentaj pri tio, kion ili jam plenumis, ili direktis sian alpeton al ŝaho Muḥammad mem, kej penis gajni lian kunsenton por sia afero. La ŝaho laŭdire respondis jene: *„Via patro, Mullá Taqí, certe ne povis pretendi, ke li estas pli supera, ol la Imám `Alí , la Komandanto de la Kredantoj. Ĉu ĉi tiu ne instruis al siaj disĉiploj, ke okaze se li viktimiĝos pro la glavo de Ibn-i-Muljam, nur la murdinto estu igita kompensi pri sia ago per sia morto, ke neniu krom li estu mortigita? Kial la murdo de via patro ne estu same venĝita? Malkaŝu al mi lian murdinton, kaj mi ordonos, ke li estu transkondukita al vi, por ke vi povu suferigi sur lin la punon, kiun li meritas."*

La necedema sinteno de la ŝaho igis ilin forlasi siajn sekretajn esperojn. Ili deklaris Shaykh Ṣáliḥon la murdinto de ilia patro, kaŭzis lian areston, kaj malhonore mortigis lin. Li estis la unua, kiu verŝis sian sangon en Persujo sur la vojo de la Afero de Dio; la unua el tiu glora anaro destinita sigeli per sia vivosango la triumfon de la sankta Kredo de Dio. Dum oni kondukis lin, al la loko de lia martiriĝo, lia vizago brilis pro fervorego kaj ĝojo. Li rapidis al la eŝafodo kaj renkontis la ekzekutiston kvazaŭ li bonvenigus karan kaj vivdaŭran amikon. Vortoj de triumfo kaj espero aŭdiĝis senĉese el liaj lipoj. *„Mi forĵetis, „* li ekkriis ĝojege, dum lia vivofino alproksimiĝis, *„la esperojn kaj la kredojn homajn de la momento, kiam mi ekkonis Vin, ho Vi, kiu estas mia Espero kaj mia Kredo!"* Lia kadavro estis enterigita en la korto de la sanktejo de la Imám-Zádih Zayd en Ṭihrán.

La nekontentigita malamo,kiu vivigis tiujn, kiuj kaŭzis la martirigo de Shaykh Ṣáliḥ, instigis ilin serĉi pliajn rimedojn por la antaŭenigo de sia celo. Ḥájí Mírzá Áqásí, kiun la Ṣáḥib-Díván sukcesis konvinki pri la perfidema konduto de la heredantoj de Mullá Taqí, rifuzis akcepti ilian alpeton. Ne malkuraĝigitaj de la rifuzo, ili antaŭmetis sian aferon antaŭ la Ṣadr-i-Ardibílíon, viro malbonfame malhumila kaj unu el la plej antaŭ arogantaj inter la eklezia ĉefoj de Persujo. „Vidu," ili insistis, „la indignindaĵon, kiu estis suferigita sur tiujn, kies plej supera devo estas gardi la netuŝeblecon de la Leĝo. Kiel vi, kiu estas ĝia ĉefo kaj famega klariganto, povas permesi, ke tiel serioza insulto pri ĝia digno restu nepunita? Ĉu vi vere ne kapablas veiĝi la sangon de tiu buĉita servanto de la Profeto de Dio? Ĉu vi ne komprenas, ke toleri tiel abomenegan krimon malligus per si fluegon de kalumnio kontraŭ tiuj, kiuj estas la ĉefaj konfidatoj de la instruoj kaj principoj de nia Kredo? Ĉu via silento ne kuraĝigos la malamikojn de Islámo frakasi la strukturon, kiun viaj propraj manoj starigis? Kiel rezulto, ĉu via propra vivo ne estos endanĝerigita? "

La Ṣadr-i-Ardibílí treege "timis, kaj en sia senpovo penis trompi sian suverenon. Li skribis la jenan peton al ŝaho Muḥammad: *„Mi humile petegus Vian Reĝan Moŝton permesi la malliberulojn akompani la heredantojn de tiu martirigita ĉefo reen al Qazvín, por ke ĉi tiuj povu memvole pardoni al ili publike ilian agon kaj ebligi al ili reliberiĝi. Tia ago iliaflanke sufiĉe multe plialtigos ilian rangon kaj gajnos por ili la estimon de iliaj samlandanoj ."* La ŝaho, tute nesciante la malbonan celon de tiu ruza konspiranto, tuj plenumis lian peton, kun difinita kondiĉo, ke skribita deklaro estu sendita al li el Qazvín por certigi lin, ke la stato de la malliberuloj post ilia liberiĝo estas tute kontentiga, kaj ke nenia malutilo atendebla okazos al ili.

Tuj kiam la malliberuloj estis transkondukitaj al la malbonfaruloj, ĉi tiuj komencis kontentigi sian senton de nepacigebla malamo kontraŭ ili. La unuan nokton, post kiam ili estis transkondukitaj al iliaj malamikoj, Hájí Asadu'lláh, frato de Ḥájí Alláh-Vardí kaj patroflanka onklo de Muḥammad-Hádí kaj Muḥammad-Javád-i-Farhádí, konata komercisto de Qazvín, kiu, pro pieco kaj hon on tiel altan, kiel tiu de sia famega frato, estis senkompate mortigita. Bone sciante, ke en lia propra naskurbo ili ne povus suferigi sur lin la deziritan punon, ili decidis mortigi lin en Ṭihrán en tia maniero, kiu protektus ilin de suspekto pri murdo. Noktomeze ili faris la hontindaĵon, kaj en la sekvinta mateno anoncis, ke malsano estis la kaŭzo de lia morto. Liaj amikoj kaj konatuloj, plejparte naskigintoj de Qazvín, neniu el kiuj suspektis la krimon, kiu estingis tiel noblan vivon, donis al li enterigon decan al lia rango.

Liaj ceteraj kunuloj, inter kiuj estis Mullá Ṭáhir-i-Shírází kaj Mullá Ibráhím-i-Maḥallátí, kiujn ambaŭ oni ege estimis pro iliaj klereco kaj karaktero, estis kruele mortigitaj tuj post ili a alveno al Qazvín. La tuta loĝantaro, kiu jam antaŭe estis diligente Instigita, brupetadis ilian tujan ekzekuton. Aro da senhontaj kanajloj, armitaj per tranĉiloj, glavoj, lancoj, kaj hakiloj, ĵetis sin sur ilin kaj pecetŝiris ilin. Ili senmembriĝis iliajn korpojn tlel, ke oni ne povls trovi eĉ unu fragmenton de iliaj disigitaj membroj por enterigi.

---

[279] Vidu la Glosaron.

Pardonema Dio! Ago tiel nekredeble kruelaj estis krimfaritaj en urbeto kiel Qazvín, kiu fieras pri tio, ke ne malpli, ol cent el la plej altaj ekleziaj ĉefoj de Islámo loĝadas interne de ĝiaj pordegoj, kaj tamen troviĝis neniu inter ĉiuj ĝiaj loĝantoj, kiu laŭtigus sian voĉon en protesto kontraŭ tiel naŭzegaj murdoj! Neniu ŝajnis dubi la rajton krimfari tlel maljustajn kaj senhontajn farojn. Neniu ŝajnis scii la tutan kontraŭemon inter tiel kruelegaj faroj de tiuj, kiuj pretendis esti la solaj konfidatoj de la misteroj de Islámo, kaj la ekzempla konduto de tiuj, kiuj unue malkaŝis ĝian lumon al la mondo. Neniu sentis sin instigita ekkrii indigne: „Ho malbona kaj obstinega generacio! En kiajn profundaĵojn de malbonego kaj honto vi subiĝis! Ĉu la abomenaĵoj, kiujn vi faris, ne superis en sia senkompato la agojn de la plej malnoblaj homoj? Ĉu vi ne ekkonos, ke nek la bestoj de la kampo nek iu ajn kreitaĵo surtera iam egalis la kruelegecon de viaj agoj? Kiel longe daŭros via senatento? Ĉu ne estas via kredo, ke la efikeco de ĉiu kongregacia preĝo dependas de la rekteco de tiu, kiu gvidas tiun preĝon? Ĉu vi ne deklaris foje kaj ree, ke neniu preĝo tia estas akceptebla antaŭ Dio ĝis kaj krom se la imám, kiu gvidas la kongregacion, purigis sian koron de ĉiu signo de malico? Kaj tamen vi opinias tiujn, kiuj instigas kaj partoprenas la plenumon de tiaj kruelegaĵoj, kiel la verajn gvidantojn de via Kredo, eĉ kiel la enkorpiĝojn de justeco. Ĉu vi ne komisiis al ili la kondukadon de via Afero kaj konsideris ilin kiel la majstrojn de via destino?"

La novaĵo pri ĉi tiu krimego atingis ṭihránon kaj disvastiĝis kun konfuzega rapideco tute tra la urbo. ḥájí Mírzá Áqásí insiste protestis. *„En kiu parto de la Korano,"* li laŭdire ekkriis, *„en kiu tradicio de Mahometo, estas pravigita masbuĉado de multaj homoj por venĝi la murdon de unuopa persono?"* Ŝaho Muḥammad ankaŭ esprimis sian fortan malaprobon pri la perfidema konduto de la ṣadr-i-Ardibílí kaj liaj krimkunuloj. Li denuncis lian malkuraĝon, ekzilis lin el la ĉefurbo, kaj kondamnis lin al vivo de malalteco en Qum. Lia eksigo plaĉegis al la ĉefveziro, kiu ĝis nun vane laboris por okazigi lian ruinigon, kaj kies neatendita forigo el ṭihrán senŝarĝigis lin de la antaŭtimoj, kiujn kaŭzis la plivastigo de ties aŭtoritato. Lia propra denunco pri la masbuĉado en Qazvín estis kaŭzita ne tiom per lia kunsento kun la Afero de la sendefendaj viktimoj, kiom per lia espero impliki la ṣadr-i-Ardibílíon en tiajn embarasojn, kiuj neeviteble malhonorus lin antaŭ lia suvereno.

La preterlaso de la ŝaho kaj de lia registaro tuj punsuferigi la krimulojn kurĝigis ilin serĉi pliajn rimedojn por kontentigi sian senkompatan malamon kontraŭ siaj malamikoj. Ili nun direktis sian atenton al ṭáhirih mem, kaj decidis, ke ŝi suferu pere de ili la saman sorton, kiu okazis al ŝiaj kunuloj. Ankoraŭ mallibera, ṭáhirih, tuj kiam ŝi informiĝis pri la celoj de siaj malamikoj, skribis la jenan komunikon al Mullá Muḥammad, kiu heredis la postenon de sia patro kaj estis nun akceptita kiel Imám-Jum`ih de Qazvín. *„»Ili volonte estingus la lumon de Dio per siaj buŝoj: sed Dio nur deziras perfektigi sian lumon, kvankam la senkreduloj malŝategas ĝin.«*[280] *Se mia Afero estas la Afero de Vero, se la Sinjoro, kiun mi adoras, estas neniu krom la unuopa vera Dio, Li liberigos min de la jugo de via tiraneco antaŭ ol naŭ tagoj estos pasintaj Se Li malsukcesos plenumi mian liberigon, vi estos libera agi tiel, kiel vi deziros. Vi estos nerevokeble pruvinta la falsecon de mia kredo."* Mullá Muḥammad, ekkonante sian senkapablon akcepti tiel sentiman disputon, elektis ignori entute ŝian komunikon, kaj penis per ĉiu ruzo plenumi sian celon.

En tiuj tagoj, antaŭ ol sonoris la horo, kiun ṭáhirih difinis por sia liberigo, Bahá'u'lláh konigis sian deziron, ke ŝi estu liberigita kaj kondukita al ṭihrán. Li decidis pruvi al la malamiko la veron de ŝiaj vortoj kaj malsukcesigi la intrigojn, kiujn ŝiaj malamikoj elpensis por mortigi ŝin. Muḥammad-Hádíy-i-Farhádí estis do alvokita al Li kaj konfidita kun la tasko efektivigi ŝian tujan translokigon al Lia propra hejmo en ṭihrán. Muḥammad-Hádí estis ordonita transdoni sigelitan leteron al sia edzino Khátún-Ján, kaj instrukcii al ŝi iri alivestita kiel almozpetantino al la domo, kie ṭáhirih estas malliberigita; transdoni la leteron al ŝi; atendi iom da tempo ĉe la enirejo de ŝia domo ĝis tiu ĉi kuniĝos kun ŝi, kaj tiam rapidi kun ŝi kaj konfidi ŝin al lia prizorgo. *„Tuj kiam ṭáhirih estos kuniĝinta kun vi,"* Bahá'u'lláh instigis la sendoton, *„ekiru tuj al ṭihrán. Eĉ en ĉi tiu nokto mi ekspedos al la ĉirkaŭaĵo de la pordego de Qazvín deĵoranton kun tri ĉevaloj, kiujn vi kondukos kaj starigos en lokon difinotan de vi ekster la muregoj de Qazvín. Vi kondukos ṭáhirihon al tiu loko, surseliĝos, kaj per malofte uzata vojo penos atingi je tagiĝo la ĉirkaŭaĵon de la ĉefurbo. Tuj kiam la pordegoj estos malfermitaj, vi devos eniri en la urbon kaj iri tuj al Mia domo. Estu plej singardema, por ke ŝia identeco ne estu malkaŝita. La Plejpotenculo certe gvidados viajn paŝojn kaj ĉirkaŭos vin per sia ĉiama protektado."*

Plifortigita per la certigo de Bahá'u'lláh, Muḥammad-Hádí tuj iris plenumi la instrukciojn, kiujn li ricevis. Nemalhelpita de ia ajn malhelpo, li kapable kaj fidele plenumis sian taskon, kaj je la difinita horo sukcesis konduki ṭáhirihon sendanĝere al la hejmo de ŝia Majstro. Ŝia neatendita kaj mistera translokiĝo el Qazvín konsternis kaj ŝiajn amikojn kaj ŝiajn malamikojn. La tutan nokton ili serĉis en la domoj kaj malsukcesis en siaj penoj trovi ŝin. La plenumo de la antaŭdiro, kiun ŝi eldiris, mirigis eĉ la plej skeptikajn el ŝiaj kontraŭuloj. Kelkaj ekkomprenis la supernaturan karakteron de la Kredo, kiun ŝi alprenis, kaj volonte subiĝis al ĝiaj pretendoj. Mírzá `Abdu'l-Vahháb, ŝia propra frato, akceptis eĉ en tiu tago la veron de la Revelacio, sed li preterlasis elmontri poste per siaj agoj la sinderecon de sia kredo.[281]

---

[280] Korano, 9:33

[281] Laů la „Kašľfu'l-Řľiṭá'" (p. ll0), Mullá Ja`far-i-Vá`iý-i-Qazvíní raportis, ke Mullá ḥusayn konatiăis kun ṭáhirih en Qazvín en la hejmo de Áqá Hádí, kiu estas eble neniu alia, ol Muḥammad Hádíy-i-Farhádí, kiu estis komisita de Bahá'u'lláh konduki ṭáhirihon al ṭihrán. La renkontiăo laůdire okazis antaů la murdo de Mullá Taqí.

La horo, kiun ṭáhirih difinis por sia liberigo, trovis sin jam sendanĝere loĝigita sub la rifuĝa ombro de Bahá'u'lláh. Ŝi bone sciis, en kies ĉeeston ŝi estis enlasita; ŝi profunde komprenis la sanktecon de la gastameco, kiun oni tiel bonkore donis al ŝi.[282] Kiel estis pri ŝia akcepto de la Kredo proklamita de Báb, kiam, neavertita kaj nevokita, ŝi aklamis Lian Revelacion kaj ekkonis ĝian veron, tiel ŝi sentis per sia propra intuitiva scio la estontan gloron de Bahá'u'lláh. Estis en la jaro '60, dum ŝi estis ankoraŭ en Karbilá, ke ŝi aludis en siaj odoj al sia ekkono pri la Vero, kiun Li estis malkaŝonta. Oni montris al mi mem en ṭihrán, en la hejmo de Siyyid Muḥammad, kiun ṭáhirih nomis Fata'l-Malíḥ, la versojn, kiujn ŝi skribis per sia propra mano, ĉiu litero el kiuj elokvente atestis al ŝia kredo je la altegaj Misioj de ambaŭ, Báb kaj Bahá'u'lláh. En tiu odo troviĝas la jena verso: *„La brilego de la Abhá Belulo penetris la vualon de nokto; rigardu la animojn de Liaj amantoj dancantajn, kvazaŭpolvere, en la lumo, kiu ekbrilis el Lia vizaĝo!"* Estis ŝia konstanta kredo je la nevenkebla potenco de Bahá'u'lláh, kiu instigis ŝin eldiri sian antaŭdiron kun tia konfido, kaj ĵetegi sian disputon tiel sentime al siaj malamikoj. Nenio krom neŝancelebla kredo je la ĉiama efiko de tiu potenco povis igi ŝin, en la plej mallumaj horoj de ŝia malliberiĝo, aserti kun tiaj kuraĝo kaj certeco la alproksimiĝon de ŝia triumfo.

Kelkajn tagojn post la alveno de ṭáhirih al ṭihrán, Bahá'u'lláh decidis sendi ŝin al Khurásán kun tiuj kredantoj, kiuj estis pretiĝantaj foriri al tiu provinco. Li ankaŭ decidis forlasi la ĉefurbon kaj iri tien post kelkaj tagoj. Li do alvokis Áqáy-i-Kalímon kaj instrukciis al li tuj klopodi por certigi la translokigon de ṭáhirih, kune kun ŝia deĵorantino Qánitih, al loko ekster la ĉefurba pordego, de kie ili poste iru al Khurásán. Li avertis lin, ke li estu plej singardema kaj atenta, por ke la gardistoj, kiuj staras ĉe la urba enirejo, kaj kiuj estis ordonitaj malpermesi trairon de virinoj tra la pordegoj sen permeso, ne eltrovu ŝian identecon kaj malebligu ŝian foriron.

Mi aŭdis Áqáy-i-Kalímon rakonti la jenon: *„Konfidante je Dio, ni elrajdis, ṭáhirih , ŝia deĵorantino, kaj mi, al loko proksime al la ĉefurbo. Nenlu el la gardistoj, kiuj staris ĉe la pordego Shimírán, eĉ la plej iomete kontraŭstaris, nek ili demandis pri nia vojaĝocelo. Ĉe distanco de du farsangoj[283] de la ĉefurbo ni alteriĝis meze de fruktarbejo multakvumata kaj lokita ĉe malsupro de monto, meze de kiu estis domo, kiu ŝajnis esti tute senhoma. Serĉante la posedanton, mi hazarde renkontis maljunulon, kiu estis akvumanta siajn kreskaĵojn. Responde al mia demando, li klarigis, ke disputo okazis inter la posedanto kaj liaj luantoj, kaj kiel rezulto tiuj, kiuj okupos la lokon, forlasis ĝin. »La posedanto petis,« li aldiris, »ke mi gardu tiun ĉi posedaĵon ĝis la solvo de tiu disputo.« Mi multe ĝojis pro lia informo, kaj petis lin, ke partoprenu kun ni nian tagmanĝeton. Kiam postahore mi decidis foriri al ṭihrán, mi trovis lin prizorgi kaj gardi ṭáhirihon kaj ŝian deĵorantinon. Konfidante ilin al lia prizorgo, mi certigis lin, ke aŭ mi mem revenos tiun vesperon aŭ mi sendos fidintan deĵoranton, kiun mi sekvos en la proksima mateno, kun ĉiuj necesaĵoj por la vojaĝo al Khurásán.*

*„Ĉe mia alveno al ṭihrán mi ekspedis Mullá Báqiron, unu el la Literoj de la Vivanto, kune kun deĵoranto, por kuniĝi kun ṭáhirih. Mi informis al Bahá'u'lláh pri ŝia sendanĝera foriro el la ĉefurbo. Multe plaĉis al Li la informo, kiun mi donis al Li, kaj Li nomis tiun fruktarbarejon „Bágh-i-Jannat.«[284] »Tiu domo,« li rimarkigis, »estis antaŭvide pretigita pro via akcepto, por ke vi povu regali tie la amatojn de Dio.«*

*„ṭáhirih restis sep tagojn en tiu loko, kaj poste, akompanita de Muḥmmad-ḥasan-i-Qazvíní, alnomita Fatá, kaj kelkaj aliaj, ŝi iris al Khurásán. Bahá'u'lláh orrdonis al mi, ke mi aranĝu ŝian foriron kaj plenumu ĉiun bezonon por ŝia vojaĝo."*

## *Ĉapitro XVI*
## *La Konferenco de Badasht*

Baldaŭ post kiam ṭáhirih komencis sian vojaĝon, Bahá'u'lláh instrukciis al Áqáy-i-Kalím plenumi la necesajn pretigojn por Lia projektanta foriro al Khurásán. Li konfidis al lia prizorgo sian familion kaj petis lin provizi tion, kio ajn alkondukus al iliaj bonfarto kaj sendanĝereco.

Kiam li alvenis al Sháh-Rúd, renkontis Lin Quddús, kiu foriasis Mashhadon, kie li estis loĝanta, kaj venis bonvenigi Lin, tuj kiam li aŭdis pri Lia alproksimiĝo. En tiuj tagoj en la provinvo de Khurásán doloregis pro furioza maltrankvilo. La agadoj, kiuj komencis Quddús kaj Mullá ḥusayn, ilia fervoro, ilia kuraĝo, ilia malkaŝema parolmaniero, vekis la popolon el ilia letargo, ekbruligis en la koroj de unu plej noblaj sentojn de kredo kaj sindono, kaj incitis en la brustoj de aliaj instinkto de pasiaj fanatikeco kaj malico. Amaso da serĉantoj senĉese svarmis el ĉiu direkto en Mashhadon, avide serĉis la loĝejon de Mullá ḥusayn, kaj pere de li estis enkondukitaj en la ĉeeston de Quddús.

---

[282] `Abdu'l-Bahá rakontas en "Memoraŕoj de la Kredantoj" (p. 306), la cirkonstancojn de vizito de Vaḥíd őe ṭáhirih, dum ői tiu gastis őe Bahá'u'lláh en ṭihrán. "ṭáhirih," Li skribas, "estis aůskultanta de malantaů la vualo la eldirojn de Vaḥíd, kiu estis parolanta fervore kaj elokvente pri tiuj signoj kaj versoj, kiuj atestas la alvenon de la nova Malkaĕanto. Mi estis tiam infano kaj estis sidanta sur ĕiaj genuoj dum ĕi atentis la reciton de la rimarkindaj atestoj, kiuj fluis senőese el la lipoj de tiu klerulo. Mi bone memoras, kiel ĕi subite interrompis lin kaj, laůtigante sian voőon, fervore deklaris: »Ho Yaḥyá! Faroj ne vortoj, atestu vian kredon, se vi estas vera klerulo. Őesu vane ripeti la tradiciojn de la pasinteco, őar venis la tago de servado, de konstanta agado. Nun estas la tempo elmontri la verajn signojn de Dio, disĕiri la vualojn de vana fantazio, antaůenigi la Vorton de Dio, kaj oferi nin sur Lia vojo. Faroj, ne vortoj, estu nia ornamiăo. «"

[283] Vidu la Glosaron.

[284] "Ăardeno de Paradizo."

Ilia mombro baldaŭ pligrandiĝis tiome, ke ĝi eksciitis la antaŭtimon de la aŭtoritatuloj. La policestro rigardis maltrankvile kaj konsterne la amasojn da eksciintaj homoj, kiuj svarmis senĉese en ĉiun kvartalon de la sankta urbo. Dezirante aserti siajn rajtojn, timigi Mullá ḥusaynon, kaj igi lin malgrandigi la amplekson de siaj agadoj, li ordonis tujan areston de ĉi ties speciala deĵoranto, kies nomo estis ḥasan, kaj lian subigon al kruela kaj hontinta traktado. Ili traboris lian nazon, traigis ŝnuron tra la entrenaĉo, kaj per tiu ĉi ŝnuro kondukis kaj paradmarŝigis lin tra la stratoj.

Mullá ḥusayn estis en la ĉeesto de Quddús, kiam atingis lin la novaĵo pri la malhonta aflikto, kiu okazis al lia servanto. Pro timo, ke ĉi tiu malfeliĉa novaĵo malĝoigos la koron de lia amata ĉefo, li leviĝis kaj silente foriĝis. Liaj kunuloj baldaŭ kolektiĝis ĉirkaŭ li, esprimis sian indignon pri ĉi tiu insultega atako sur tiel senkulpan sekvanton de sia Kredo, kaj instigis lin venĝi la insulton. Mullá ḥusayn provis pacigi ilian koleron. *„Ne permesu,"* li petegis, *„ke la indigno, kiu okazis al* ḥasan, *afliktu kaj maltrankviligu vin, ĉar* ḥusayn *estas ankoraŭ kun vi kaj sendanĝere reliberigos lin al vi morgaŭ."*

Kontraŭ tiel solena certigo liaj kunuloj ne kuraĝis pluajn rimarkigojn. Tamen, iliaj koroj brulis kun senpacienco kompensi tiun amaran malutilon. Kelkaj el ili fine decidis ariĝi kaj laŭtkrii en la stratoj de Mashhad, „Yá ṣáḥibu'z-Zamán!"[285] kiel proteston kontraŭ al tiu subita insulto kontraŭ la digno de sia Kredo. Tiu krio estis la unua siaspeca, kiu laŭtiĝis en Khurásán en la nomo de la Afero de Dio. La urbo reeĥis pro la sonoj de tiuj voĉoj. La resonadoj de iliaj laŭtkrioj atingis eĉ la plej eksterajn regionojn de la provinco, estigis grandan tumulton en la koroj de la loĝantoj, kaj estis signalo por la grandegaj okazaĵoj, kiuj estis destinitaj okazi estonte.

Meze de la rezultanta konfuzo, tiuj, kiuj estis tenantaj la ŝnuron, per kiu ili trenis ḥasanon tra la stratoj, mortis pere de la glavo. La kunuloj de Mullá ḥusayn kondukis la liberigiton en la ĉeeston de sia ĉefo kaj informis lin pri la sorto, kiu okazis al la subpremanto. *„Vi rifuzis,"* Mullá ḥusayn laŭdire rimarkigis, *„toleri la suferojn, al kiuj* ḥasan *estis subigita; kiel vi povos konsenti al la martirigo de* ḥusayn*?"*[286]

La urbo Mashhad, kiu ĵus reakiris siajn pacon kaj trankvlion post la ribelado, kiun la Sálár incitis, estis denove enigita en konfuzon kaj aflikton. Princo ḥamzih Mírzá estis starigita kun liaj soldatoj kaj municioj ĉe distanco de kvar farsangoj[287] de la urbo, preta kontraŭstari kian ajn urĝbezonon ekiĝontan, kiam la novaĵo pri ĉi tiuj novaj malpacoj subite atingis lin. Li tuj ekspedis taĉmenton en la urbon, kun instrukcioj akiri la helpon de la guberniestro por la aresto de Mullá ḥusayn kaj konduki lin en lian ĉeeston. `Abdu'l-`Alí Khán-i-Marághiyí, kapitano de la artilerio de la princo, tuj intervenis. *„Mi konsideras min,"* li petegis, *„unu el la amantoj kaj admirantoj de* Mullá ḥusayn*. Se vi intencas suferigi sur lin ian malutilon, mi petegas vin, ke vi mortigu min kaj tiam iru plenumi vian celon; ĉar dum mi vivos mi ne povos toleri eĉ plej iometan malrespekton kontraŭ li."*

La princo, kiu bone sciis, kiel multe li bezonas tiun oficiron, ege embarasiĝis pro ĉi tiu neatendita deklaro. *„Mi ankanŭ konatiĝis kun* Mullá ḥusayn*,"* estis lia respondo dum li provis forigi la antanŭtimon de `Abdu'l-`Alí Khán. *„Mi ankaŭ sentas plejan sindonon al li. Per tio, ke mi alvokos lin al mia tendejo, mi esperos limigi la amplekson de la ekflamigita malbono kaj protekti lian personaĵon."* La princo tiam skribis propramane leteron al Mullá ḥusayn, en kiu li insistis, ke estus ege dezirinde, ke li translokiĝu sian loĝadejon dum kelkaj tagoj al lia: ĉefsidejo, kaj certigis lin pri sia sincera deziro protekti lin de la atakoj de liaj furiozigitaj kontraŭuloj. Li ordonis, ke lia propra multornamita tendo estu starigita en la ĉirkaŭaĵo de lia tendejo, kaj ke ĝi estu rezervigita por la akcepto de lia atendata gasto.

Ĉe ricevo de ĉi tiu komuniko, Mullá ḥusayn prezentis ĝin al Quddús , kiu konsilis al li respondi al la invito de la princo. *„Nenia malutilo povos okazi al vi,"* Quddús certigis lin. *„Rilate al mi, eĉ en ĉi tiu nokto, kune kun* Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Qazvíní*, unu el la Literoj de la Vivanto, mi iros al* Mázindarán*. Poste, se plaĉos al Dio, vi ankaŭ, kondukanta grandan aron de la kredantoj kaj antaŭirata de la »Nigraj Standardoj,« foriros el* Mashhad *kaj kuniĝos kun mi. Ni renkontiĝos en kiu ajn loko, kiun la Plejpotenculo estos dekretinta."*

Mullá ḥusayn ĝoje respondis. Li ĵetis sin ĉe la piedojn de Quddús kaj certigis lin pri sia firma decido plenumi fidele la devojn, kiujn tiu devigis al li. Quddús ameme ĉirkaŭbrakis lin kaj, kisinte liajn okulojn kaj frunton, konfidis lin al la ĉiama protektado de la Plejpotenculo. Frue tiun saman posttagmezon, Mullá ḥusayn surseliĝis kaj elrajdis digne kaj trankvile en la tendaron de princo ḥamzih Mírzá, kaj al la tendo speciale starigita por lia uzado li estis ceremonie kondukita de `Abdu'l-`Alí Khán, kiu, kune kun oficiraro, estis elektita de la princo por eliri kaj bonvenigi lin.

En tiu sama nokto Quddús alvokis al si Mírzá Muḥammad-Báqir-i-Qá'iníon, konstruinton de la Bábíyyih, kune kun aro de la plej elstarantaj homoj inter siaj kunuloj, kaj ordonis al ili esti tutplene lojalaj al Mullá ḥusayn kaj absolute obei kion ajn li deziros, ke ili faru. *„Tumultaj estos la ŝtormoj antaŭ ni,"* li diris al ili. *„La tagoj de premo kaj furioza tumulto rapide alproksimiĝas. Ege aliĝu al li, ĉar en obeado al liaj ordonoj estas via saviteco."*

Per ĉi tiuj vortoj Quddús adiaŭis siajn kunulojn kaj, akompanata de Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Qazvíní, foriris el Mashhad. Kelkajn tagojn poste li renkontis Mírzá Sulaymán-i-Núríon, kiu informis lin pri la cirkonstancoj rilate al la

---

[285] "Ho Sinjoro de la Epoko!"  unu el la titoloj de la promesita Qa'im.

[286] Aludo al sia propra martiriĝo.

[287] Vidu la Glosaron.

liberigo de ṭáhirih el Qazvín, pri ŝia vojaĝo al Khurásán, kaj pri la posta foriro de Bahá'u'lláh el la ĉefurbo. Mírzá Sulaymán, kiel ankaŭ Mírzá Muḥammad-`Alí, restis kun Quddús ĝis sia alveno al Badasht. Ili atingis tiun vilaĝeton je tagiĝo, kaj trovis tie grandan kunvenon de homoj, kiujn ili rekonis kiel siajn samkredantojn. Tamen, ili decidis rekomenci sian vojaĝon, kaj iris rekte al Sháh-Rúd. Dum ili estis alproksimiĝantaj al tiu vilaĝo, Mírzá Sulaymán, kiu estis sekvanta ĉe distanco malantaŭ ili, renkontis Muḥammad-i-ḥaná-Sábon, kiu estis survoje al Badasht. Responde al lia demando pri la celo de tiu kunveno, Mírzá Sulaymán informiĝis, ke Bahá'u'lláh kaj ṭáhirih antaŭ kelkaj tagoj foriris el Sháh-Rúd al tiu vilaĝeto; ke granda aro da kredantoj iam alvenis el Iṣfáhán, Qazvín, kaj aliaj urbetoj de Persujo, kaj ke ili estis atendantaj por akompani Bahá'u'lláhon dum Lia projektita vojaĝo al Khurásán. *„Diru al Mullá Aḥmad-i-Ibdál, kiu estas nun en Badasht,"* Mírzá Sulaymán rimarkigis, *„ke eĉ en ĉi tiu mateno brilis sur vin lumo, kies brilecon vi tute ne ekkonis."*[288]

Tuj kiam Bahá'u'lláh estis informita de Muḥammad-i-ḥaná-Sáb pri la alveno de Quddús al Sháh-Rúd, Li decidis kuniĝi kun li. Akompanata de Mullá Muḥammad-i-Mu`allim-i-Núrí, en tiu sama vespero Li elrajdis al tiu vilaĝo kaj estis reveninta kun Quddús al Badasht en la sekvinta mateno je sunleviĝo.

Estis tiam komenco de somero. Ĉe sia alveno Bahá'u'lláh luis tri ĝardenojn, unu el kiuj Li difinis ekskluzive por Quddús, alian Li difinis por ṭáhirih kaj ŝia deĵorantino, kaj rezervigis la trian por si. Tiuj, kiuj estis kunvenintaj en Badashton, nombriĝis okdek unu, kiu ĉiuj, de la tago de sia alveno ĝis la tago de sia disiĝo, estis gastoj de Bahá'u'lláh. Ĉiun tagon Li revelaciis Tabuleton, kiun Mírzá Sulaymán-i-Núrí psalmokantis antaŭ la kunigintaj kredantoj . Al ĉiu Li donacis novan nomon. Li mem estis de tiam nomita per la nomo Bahá; al la Lasta Litero de la Vivanto estis donita la nomo Quddús, kaj al Qurratu'l-`Ayn estis donita la titolo ṭáhirih. Al ĉiu el tiuj, kiuj kunvenis ĉe Badasht, speciala Tabuleto estis poste revelaciita de Báb, kiu nomis ĉiun per ties ĵusdonacita nomo. Kiam pli poste aro de la plej severaj kaj rutinemaj inter siaj samdisĉiploj elektis akuzi ṭáhirihon pri tio, ke ŝi maldiskrete forĵetis la antikvajn tradiciojn de la pasinteco, Báb, al kiu oni skribis tiun ĉi plendon, respondis en la jenaj vortoj: *„Kion Mi diru rilate al tiu, kiun la Lango de Potenco kaj Gloro nomis ṭáhirih (Purulino)?"*

Ĉiu tago de tiu memorinda kunveno vidis nuligon de plua leĝo kaj forĵeton de longestarigita tradicio. La vualoj, kiuj kaŝis la sanktecon de la ordonoj de Islámo, estis severe disŝiritaj, kaj la idoloj, kiuj tiel longe postulis adoradon de siaj blindaj adorantoj, estis malĝentile detruitaj. Tamen, neniu sciis la Fonton, el kiu elvenis tiuj sentimaj kaj kuraĝaj enkondukaĵoj, neniu suspektis la Manon, kiu konstante kaj senerare gvidis ilian vojon. Eĉ la Identeco de Tiu, kiu donacis novan nomon al ĉiu el tiuj, kiuj kolektiĝis en tiun vilaĝeton, restis nekonata al tiuj, kiuj ricevis ilin. Ĉiu konjektis laŭ sia propra grado de kompreno. Tre malmultaj iomete divenis, ke Bahá'u'lláh estas la Aŭtoro de vastaj ŝanĝoj, kiuj estis enkondukitaj tiel sentime.

Shaykh Abú-Turáb, unu el la plej bone informitaj homoj pri la karaktero de la disvolviĝo en Badasht, laŭdire rekontis la jenan okazaĵon: *„Unu tagon malsano enlitigis Bahá'u'lláhon. Quddús rapidis viziti Lin, tuj kiam li aŭdis pri Lia malsaneto. Kiam li estis enkondukita en Lian ĉeeston, li eksidis dekstramane de Bahá'u'lláh. La ceteraj kunuloj estis iom post iom enlasigitaj en Lian ĉeeston, kaj ili ariĝis ĉirkaŭ Li. Tuj kiam ili kuniĝis, sendinto de ṭáhirih, Muḥammad-ḥasan-i-Qazvíní, al kiu estis ĵusdonacita la nomo Fata'l-Qazvíní, subite envenis kaj transdonis al Quddús urĝan inviton de ṭáhirih viziti ŝin en ŝia propra ĝardeno. »Mi tute disiĝis de ŝi,« li sentime kaj decide respondis. »Mi rifuzas renkonti ŝin.«*[289] *La sendinto foriĝis tuj, kaj baldaŭ revenis, ripetante la saman komunikon kaj petante lin atenti ŝian urĝan alvokon. » Ŝi insistas pri via vizito,« estis liaj vortoj. »Se vi persistos en via rifuzo, ŝi mem venos al vi.« Vidante lian necedeman sintenadon, la sendito eligis sian glavon, metis ĝin ĉe la piedoj de Quddús, kaj diris: «Mi rifuzas iri sen vi. Aŭ elektu akompani min en la ĉeeston de ṭáhirih, aŭ senkapigu min per ĉi tiu glavo.« »Mi jam deklaris mian intencon ne viziti ṭáhirihon,« Quddús kolere rediris, «Mi konsentas je la alternativo, kiun vi elektis antaŭmeti antaŭ min.«*

*Muḥammad-ḥasan, kiu estis sidiĝinta ĉe la piedoj de Quddús, eletendis la kolonon por ricevi la fatalan baton, kiam subite aperis ṭáhirih ornamita kaj nevualita antaŭ la okuloj de la kuniĝintaj kunuloj. Konsterno tuj kaptis la tutan kunvenon.*[290] *Ĉiuj staris miregitaj antaŭ ĉi tiu subita kaj tute ne atendita apero. Vidi ŝian vizaĝon nevualitan estis al ili neimageble. Eĉ rigardi ŝian ombraĵon estis afero, kiun ili opiniis maldeca, ĉar ili konsideris ŝin kiel eĉ la enkorpiĝon de Fáṭimih,*[291] *kiu por ili estis la plej nobla emblemo de ĉasteco.*

---

[288] Aludo al Quddús.

[289] Laů la "Kašľfu'l-Řľiṭá'," decido estis antaůfarita de Quddús kaj ṭáhirih, laů kiu ĕi estis proklamota publike la sendependan karakteron de Revelacio de Báb, kaj emfazonta la nuligon de la leăoj kaj ordonoj de la antaůa Spiritordo. Aliflanke, Quddús devus kontraůi ĕiajn vortojn kaj persistege malakcepti ĕiajn opiniojn. Ŏi tiu aranăo estis farita por moderigi la efikojn de tiel maltima kaj vasta proklamo, kaj malhelpi la multajn danăerojn, kiujn tiel maltrankviliga enkondukaro okazigus. (P. 211). Bahá'u'lláh ĕajne estis neůtrala en ŏi tiu interdisputo, kvankam efektive Li estis la ŏefa aganto kaj la rega kaj direktanta influo en la diversaj gradoj de tiu memorinda epizodo.

[290] "Sed la efiko estis flume terura. Kelkaj kaĕis la vizaăon per la manoj, aliaj respektege terenkuĕiăis, aliaj kovris la kapon per siaj vestoj, por ke ili ne vidu la vizaăon de Ĕia Moĕtino la Purulino. Se rigardi la vizaăon de nekonatulino preterpasanta estas serioza peko, kia krimo estis rigardi tian sanktulinon... La kunsido fermiăis meze de nepriskribebla tumulto. Insultoj pluvis sur virinon sufiŏe malŏestan pro tio, ke ĕi ekaperu tiamaniere kun malkovrita vizaăo; kelkaj asertis, ke ĕi subite freneziăis, aliaj, ke ĕi estas senhonta siboŏantino, kaj tre malmultaj ekdefendis ĕin." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb," de A. L. M. Nicolas, pp. 283-4.)

[291] Filino de Mahometo, kaj edzino de Imám `Alí.

*Kviete, silente, kaj plej digne, ṭáhirih antaŭpaŝis kaj, alproksimiĝinte al Quddús, sidiĝis dekstramanen de li. Ŝia trankvila sereneco akre konrtastis al la terurigitaj vizaĝoj de tiuj, kiuj rigardis ŝian vizaĝon. Timo, kolero kaj konsterno elscitis la profundaĵojn de iliaj animoj. Tiu subita malkaŝigo ŝajnis konsternigi ilian spiritan kapablon. `Abdu'l-Kháliq-i-Iṣfáhání estis tiel serioze agitita, ke li propramane tranĉis la gorĝon. Sangokovrita kaj krieganta pro ekscito, li forkuris de antaŭ ṭáhirih. Kelkaj, sekvante ilian ekzemplon, forlasis siajn kunulojn kaj sian Kredon. Oni vidis aron senparolan antaŭ ŝi, konfuzitan pro miro. Quddús dume restis sidanta sialoke, tenanta la eligitan glavon per la mano, lia vizaĝo elmontrita senton de neesprimebla kolero. Ŝajnis, ke li estis atendanta tiun momenton, kiam li povus fatale mortigi ṭáhirihon.*

*Tamen, lia minacanta konduto tute ne influis ŝin. Ŝia vizaĝo elmontris tiun saman dignon kaj memfidon, kiujn ŝi evidentigis en la unua momento de sia apero antaŭ la kuniĝintaj kredantoj. Sento de ĝojo kaj triumfo nun lumigis ŝian vizaĝon. Ŝi leviĝis de sia sidloko kaj, ne detimigita de la tumulto, kiun ŝi kaŭzis en la koroj de siaj kunuloj, komencis alparoli la restaĵon de tiu kunveno. Sen ia ajn antaŭmedito, kaj en la vortoj, kiuj surprize similis al tiuj de la Korano, ŝi faris sian alvokon kun senkompara elokvenco kaj profunda fervoro. Ŝi finis sian parolon per la jena verso el la Korano: »Vere, inter ĝardenoj kaj riveroj loĝados la pliuloj en la ĉefloko de vereco, en la ĉeesto de la potenca Reĝo.« Elditante tiujn ĉi vortojn, ŝi nerimarkite ekrigardis kaj Bahá'u'lláhon kaj Quddúson tiamaniere, ke tiuj, kiuj estis observantaj ŝin, ne povis diri, al kiu el la du ŝi aludas. Tuj poste ŝi deklaris: »Mi estas tiu Vorto, kiun la Qá'im eldiros, tiu Vorto, kiu forpelos la ĉefojn kaj nobelojn de la tero.«"*[292]

*„Tiam ŝi turnis sian vizaĝon al Quddús kaj riproĉis lin pro tio, ke li preterlasis plenumi en Khurásán tiujn aferojn, kiujn ŝi opiniis necesaj al la bonfarto de la Kredo. »Mi estas libera sekvi la instigojn de mia propra konscienco,« rediris Quddús. »Mi ne estas suba al la volo kaj plaĉo de miaj kundisĉiploj.« Forturninte la okulojn de li, ṭáhirih invitis la ĉeestantojn solenigi konvene tiun ĉi grandan okazon. »Ĉi tiu tago estas tago de festado kaj universala ĝojego,« ŝi aldiris, »tago, en kiu la katenoj de la pasinteco estas disrompitaj. Tiuj, kiuj partoprenis tiun ĉi grandan celatingon, leviĝu kaj ĉirkaŭbraku unu la alian.«"*

Tiu memorinda tago, kaj tiuj, kiuj sekvis ĝin, vidis plej revoluciajn ŝanĝojn en la vivmaniero kaj moroj de la kuniĝintaj sekvantoj de Báb. Ilia adormaniero subite kaj fundamente transformiĝis. La preĝoj kaj ritoj, laŭ kiuj tiuj piaj adorantoj estis instruitaj, estis nerevokeble forĵetitaj. Tamen, granda konfuzo regis inter tiuj, kiuj tiel fervore leviĝis por rekomendi tiujn ĉi reformojn. Kelkaj kondamnis tiel radikan ŝanĝon kiel plenan herezon, kaj rifuzis nuligi tion, kion ili konsideris kiel neperforteblajn instruojn de Islámo. Kelkaj konsideris ṭáhirihon kiel la solan juĝantinon pri tiuj aferoj kaj la solan personon inda je absoluta obeado de la kredantoj. Aliaj, kiuj denuncis ŝian konduton, restis kun Quddús, kiun ili konsideris kiel la solan reprezentanton de Báb, la solan, kiu rajtas juĝi pri tiaj gravaj aferoj. Ankoraŭ aliaj, kiuj ekkonis la aŭtoritaton kaj de ṭáhirih kaj de Quddús, konsideris la tutan epizodon kiel Didevenan provon celantan apartigi veron de malvero kaj diferencigi la fidelulojn de la senfideluloj.

ṭáhirih mem kuraĝis kelkafoje malkonfesi la aŭtoritaton de Quddús. *„Mi konsideras lin,"* ŝi laŭdire deklaris, *„kiel lernanton, kiun Báb sentis al mi, por ke mi edifu kaj instruu lin. Neniel alie mi konsideras lin."* Quddús ne preterlasis siaflanke denunci ṭáhirihon kiel *„la aŭtorinon de herezo,"* kaj malhonorsignis tiujn, kiuj rekomendis ŝiajn opiniojn, kiel *„la viktimojn de eraro."* Ĉi tiu stato de streĉeco persistis dum kelkaj tagoj, ĝis Bahá'u'lláh intervenis kaj majstre efikis plenan repacigon inter ili. Li resanigis la vundojn kaŭzitajn de tiu akra polemiko, kaj direktis la penadojn de ambaŭ laŭ la vojon de klariga servado.[293]

La celo de tiu memorinda kunveno estis atingita.[294] La klarionado de la nova Ordo jam sonoris. La ne plu uzataj kutimoj, kiuj enkatenigis la homajn konsciencojn, estis sentime disputitaj kaj kutaĝe forigitaj. La vojo estis preta por proklamado de la leĝoj kaj instruoj, kiuj estis destinitaj enkonduki la novan Spiritordon. La restaĵo de la kunuloj, kiuj kolektiĝis en Badashton, decidis do foriri al Mázindrán. Quddús kaj ṭáhirih sidiĝis en la saman howdahon,[295] kiu estis pretigita por ilia vojaĝo de Bahá'u'lláh. Survoje, ṭáhirih ĉiutage verkis odon, kiun ŝi ordonis al siaj akompanantoj

---

[292] Vidu la paĝon _.

[293] "Estis ĝi tiu sentima ago de Qurratu`l-`Ayn, kiu skuis la fundamentojn de laŭlitera kredo je islámaj doktrinoj inter la persoj. Aldiriĝu, ke la unua gajnitaĵo de la instruado de Qurratu'l-`Ayn estis neniu alia, ol tiu heroa Quddús, kaj ke la elokventa instruistino mem estis danka pro sia envidpovo kredeble al Bahá'u'lláh. Kompreneble, la supozo, ke ŝia plej bona amiko mallaŭdus ŝin, estis nur ĝarma ironiaĵo." ("La Akordiĝo inter Gentoj kaj Religioj," de d-ro T. K. Cheyne, pp. 103-4.)

[294] "Oni sugestis, ke la vera kaŭzo de tiu alvokita kunveno estis maltrankvilo pro Báb, kaj deziro translokigi lin al sendanĝera loko. Sed la pli akcepta opinio – ke la temo antaŭ la Konsilantaro estis la rilato de la bábanoj al la islámaj leĝoj – estas ankaŭ pli kredebla." (Ibid., p. 80.) "La celo de la konferenco estis korekti ĝeneralan miskomprenon. Estis multaj, kiuj opiniis, ke la nova ĉefo venis en la plej laŭlitera senco por plenumi la isláman Leĝon. Ili ja ekkomprenis, ke la celo de Mahometo estis okazigi universalan regecon de justeco kaj paco, sed ili opiniis, ke ĝi tio estos efektivigita per vadado tra sangofluoj kaj per helpo de la diaj juĝadoj. Báb, aliflanke, kvankam li ne estis ĉiam konsekvenca, tamen direktis sin kune kun kelkaj el siaj disĉiploj al morala influo; lia sola armilo estis »la glavo de la Spirito, kiu estas la vorto de Dio.« Kiam la Qá'im estos aperinta, ĉio estos renovigita. Sed la Qá'im estos aperinta, kaj ĉiom kio restis, estis, ke oni pretiĝu por lia Alveno. Ne estu plu diferencigo inter pli altaj kaj pli malaltaj gentoj, aŭ inter viro kaj virino. La longa, envolva vualo ne estu plu signo de virina malsupereco. La naturdonita virino en nia ĉeesto havis sian propran karakterizan solvon de la problemo... Oni diras en unu tradicio, ke Qurratu'l-`Ayn mem ekĉeestis la konferencon vualita. Se jes, ŝi ne prokrastis forĵeti ĝin, kaj (laŭdire) ekkriegis fervore, «Mi estas la eksonego de la trumpeto, mi estas la klarionado,« i. E. »Kiel Gabriel faros, tiel mi deziras veki dormantajn animojn.« Oni diras ankaŭ, ke tiun ĉi paroladeton de la bravulino sekvis la recito de Bahá'u'lláh de la Súrih de Revenigo (75). Tiaj recitoj ofte efikas subige. La interna senco de ĉi tio estis, ke la homaro estis enironta en la novan kosman ciklon, por kiuj novaj leĝaro kaj kutimoj estos nepre necesaj." (La Akordiĝo inter Gentoj kaj Religioj," de d-ro T. K. Cheyne, pp. 101-3.)

[295] Vidu la Glosarion.

psalmokanti dum ili sekvas ŝian howdahon. Monto kaj valo reeĥis la kriegon, per kiuj tiu entuziasmularo, survoje al Mázindrán, salutis la elmorton de la malnova, kaj la naskiĝon de la nova Tago.

La pasloĝo de Bahá'u'lláh en Badasht daŭris du kaj dudek tagojn. Survoje al Mázindarán kelkaj el la sekvantoj de Báb provis misuzi la liberecon, kiun malkonfeso de la leĝoj kaj sankcioj de eluzita Kredo donis al ili. Ili konsideris la senekzemplan agon de ṭáhirih, kiam ŝi forĵeris la vualon, kiel signon peki kontraŭ la limoj de modereco kaj kontentigi siajn egoistajn dezirojn. La ekscesoj, al kiuj kelkaj cedis sin, incitis la koleregon de la Plejpotenculo kaj okazigis ilian tujan dispelon. En la vilaĝo Níyálá ili estis dolorigite afliktitaj kaj suferis severajn malutilojn je la manoj de siaj malamikoj. Ĉi tiu disigo estingis la malbonon, kiun kelkaj el la nerespondulој inter la aliĝintoj de la Kredo provis ekbruligi, kaj konservis ĝiajn honoron kaj dignon nemakulitaj.

Mi aŭdis Bahá'u'lláhon mem priskribi tiun okazaĵon: *„Ni estis ĉiuj kolektiĝantaj en la vilaĝo Níyálá kaj ripozantaj malsupre de la monto, kiam je tagiĝo ni estis subite vekitaj per ŝtonoj, kiujn la loĝantoj de la ĉirkaŭaĵo estis ĵetegantaj sur nin de la montpinto. La furiozeco de ilia atako decidigis niajn kunulojn forkuri en teruro kaj konsterno. Mi vestis Quddúson per miaj propraj vestoj kaj ekspedis lin al sendanĝera loko, kie mi intencis kuniĝi kun li. Kiam mi alvenis, mi trovis, ke li jam foriris. Neniu el niaj kunuloj restis en Níyálá krom ṭáhirih kaj junulo en Shíráz, Mírzá `Adbu'lláh. La perforto, per kiu oni atakis nin, senhontis niajn tendojn. Mi trovis neniun, en kies gardon mi povus transkonduki ṭáhirihon, krom tiu juna sinjoro, kiu kuregis por rabi niajn propraĵojn, li antaŭsaltis por haltigi la manon de la atakantoj. Kvankam mem vundita en kelkaj partoj de la korpo, tamen li riskis la vivon por protekti niajn propraĵojn. Mi ordonis lin lasi sian agon. Kiam la tumulto trankviliĝis, mi alproksimiĝis al aro de la vilaĝanoj kaj sukcesis konvinki ilin pri la krueleco kaj hontindeco de ilia konduto. Mi poste sukcesis rebonigi parton de niaj rabitaj propraĵoj."*

Bahá'u'lláh, akompananta de ṭáhirih kaj ŝia deĵorantino, iris al Núr. Li elektis Shaykh Abú-Turábon gardi ŝin kaj certigi ŝiajn protektadon kaj sendanĝeron. Dume, la malbonfaruloj penadis ekflamigi la koleron de ŝaho Muḥammad kontraŭ Bahá'u'lláh, kaj per tio, ke ili figuris Lin kiel la ĉefan instiginton de la maltrankviloj en Sháh-Rúd kaj Mázindarán, sukcesis fine inklinigi la suverenon aresti Lin. *„Ĝis nun,"* la ŝaho laŭdire kolere rimarkigis, *„mi rifuzis favori tion, kion oni diris kontraŭ Li. Mia indulgo estis influata pro mia ekkono de la servadoj faritaj al mia lando de lia patro. Tamenm ĉifoje mi decidis mortigi lin."*

Li do ordonis al unu el siaj oficiroj en ṭihrán, ke li instrukciu sian filon, kiu estis loĝadanta en Mázindarán, ke li arestu Bahá'u'lláhon kaj konduku Lin al la ĉefurbo. La filo de ĉi tiu oficiro ricevis la komunikon eĉ en la tago antaŭ la akcepto, kiun li pretigis doni al Bahá'u'lláh, al kiu li sentis sindonan korinklinon. Li sentis egan aflikton kaj ne malkaŝis la novaĵon al iu. Tamen, Bahá'u'lláh sentis lian malfeliĉon kaj konsilis lin fidi je Dio. La senvintan tagonm dum Li estis akompananta de sia amiko al lia hejmo, ili renkontis rajdiston venantan al ṭihrán. „Ŝaho Muḥammad mortis!" tiu amiko ekkriis en la Mázindarána dialekto, dum li rapidis rekuniĝi kun Li post mallonga konversacio kun la sendito. Li eltiris la imperiestran alvokon kaj montris ĝin al Li. La dokumento perdis sian efikecon. Tiun nokton li pasigis kun sia gasto en atmosfero de kvieraj trankvilo kaj feliĉo.

Quddús dume estis kaptita de siaj malamikoj kaj malliberigita en Sárí en la hejmon de Mírzá Muḥammad-Taqí, la ĉefa mujtahid de tiu urbeto. Liaj ceteraj kunuloj, post sia dispelo en Níyálá, disiĝis diversdirekten, kaj ĉiu portis kun si al siaj kundisĉiploj la novaĵon pri la gravegaj okazintaĵon de Badasht.

## *Ĉapitro XVII*
## *La Enkarcerigo de Báb*
## *en la Kastelo de Chihríq*

La okazaĵo de Níyálá okazis meze de la monato Sha'bán en la jaro 1624 p.H.[296] Ĉe la fino de tiu sama monato Báb estis kondukita al Tabríz, kie li suferis severan kaj humiligan malutilon je la manoj de siaj subpremantoj. Tiu intenca insulto kontraŭ lia digno okazis preskaŭ samtempe kun la atako, kiun la loĝantoj de Níyálá direktis kontraŭ Bahá'u'lláh kaj Liaj kunuloj. Tiuj ĉi estis ĵetfrapaditaj per ŝtonoj de nescianta kaj malpacema popolo; tiu estis afliktita per batovuntoj de kruela kaj perfidema malamiko.

Mi nun rakontu la cirkonstancojn, kiuj alkondukis al tiu abomeninda indignindaĵo, kiun la persekutantoj de Báb elektis suferigi sur Lin. Sekve de la ordonoj dekretitaj de ḥájí Mírzá Áqásí, Li estis translokigita la la kastelo de Chihríq[297] kaj transkondukita en la gardanon de Yaḥyá Khán-i-Kurd, kies fratino estis la edzino de ŝaho Muḥammad, patrino de la Náyibu's-Salṭanih. Severaj kaj klaraj instrukcioj estis donitaj de la ĉefveziro al Yaḥyá Khán, kiuj ordonis al li, ke li permesu al neniu eniri en la ĉeeston de lia Malliberulol. Li estis precipe avertita ne sekvi la ekzemplon de `Alí Khán-i-Máh-Kú'í, kiu iom post iom estis inklinigita ignori la ordonojn, kiujn li ricevis.[298]

---

[296] 3. Julio – 1. Aůgusto, 1848. p. Kr.

[297] Laů « Historio de Vojaăanto", (p.18), Báb restis tri monatojn en la kastelo de Čľihríq antau ol Li estis kondukita al Tabríz por esti ekzamenata.

[298] "Báb estis subigita al pli severa kaj pli peniga malliberigo en Čľihríq, ol en Máh-Kú. tial li nomadis tiun 'la Malăojiga Monto' (Jabál-i-Šľadíd), pro tio, ke la nombra valoro de la vorto 'Šľadíd' – 318 – egalas al tiu de la nomo Čľihríq), kaj tiun ői 'la Malferma Monto' (Jabál-i-Basíṭ)." ("Historio de Vojaăanto », noto L, p. 276.)

Malgraŭ la emfaza karaktero de tiu ordono kaj la necedema kontraŭstaro de la ĉiopova Ḥájí Mírzá Áqásí, Yaḥyá Khán trovis sin senpova plenumi tiujn instrukciojn. Ankaŭ li baldaŭ eksentis la ensorĉon de sia Malliberulo; ankaŭ li, tuj kiam li sentis la influon de Lia spirito, forgesis la devon, kiun oni atendis, ke li plenumu. Eĉ en la komenco la amo de Báb penetris lian koron kaj posedis lian tutan estecon. La Kurdoj, kiuj loĝis en Chihríq, kaj kies fanatikeco kaj malamo al la ŝianoj superis la malŝaton, kiun la loĝantoj de Máh-Kú sentis al tiu popolo, estis same subigitaj al la transforma influo de Báb. Tioma estis la amo, kiun Li ekbruligis en iliaj koroj, ke ĉiumatene, antaŭ ol ili ekiris al sia taglaboro, ili direktis siajn paŝojn al Lia malliberejo kaj, rigardante de malproksime la kastelon, kiu enhavis tiun Amaton, alpreĝis Lian nomon kaj petegis Liajn benojn. Ili sternis sin sur la teron kaj strebis refreŝigi siajn animojn per rememoro de Li. Unu al la alia ili malkaŝeme rakontis la mirindaĵojn de Liaj potenco kaj gloro, kaj ili priskribis tiajn sonĝojn, kiuj atestis al la krea povo de Lia influo. Al neniu Yaḥyá Khán malpermesis eniron al la kastelo.[299] Pro tiu, ke Chihríq mem ne povis gastigi la pligrandiĝantan nombron da vizitantoj, kiuj amasiĝis al ĝiaj pordegoj, ebliĝis al ili trovi la bezonatajn loĝejojn en Iskí-Shahr, kiu estas la malnova urbeto Chihríq, kiu kuŝas ĉe distanco de horo de la kastelo. Ĉiujn manĝaĵojn bezonatajn de Báb oni aĉetis en la malnova urbeto kaj transportis al Lia malliberejo.

Unu tagon Báb petis, ke oni aĉetu mielon por Li. La prezo, je kiu oni aĉetis ĝin, ŝajnis al Li troega. Li rifuzis ĝin kaj diris: “Mielon de supera kvalito oni sendube povus aĉeti je pli malalta prezo. Mi, kiu estas via ekzemplo, estis komercisto laŭ profesio. Decas al vi, en ĉiuj viaj negocoj, sekvi laŭ Mia vojo. Nek trompŝtelu de via najbaro nek ||permesu al li trompŝteli de vi. Tio estis la kutimo de via Majstro. La plej ruzaj kaj plej kapablaj homoj ne povis trompi Lin, nek Li siaparte elektis agi avare al la plej himilaj kaj plej senhelpaj kreitaĵoj.” Li insistis, ke la deĵoranto, kiu faris tiun aĉeton, reiru kaj reportu al Li mielon de supera kvalito kaj de pli malalta prezo.

Dum la malliberiĝo de Báb en la kastelo de Chihríq, okazaĵoj de miriga karaktero ege malkvietigis la registaron. Baldaŭ evidentiĝis, ke multaj el la plej eminentaj inter la siyyidoj, la ulemoj, kaj la registaraj oficiroj de Khúy estis alprenintaj al Aferon de la malliberulo kaj tute dediĉis sin al Lia Kredo. Inter ili estis Mírzá Muḥammad-`Alí kaj lia frato Búyúk-Áqá, ambaŭ siyyidoj meritegaj, kiuj leviĝis kun arda fervoro proklami sian Kredon al ĉiuklasaj kaj ĉiustataj homoj inter siaj samlandanoj. Kiel rezulto de tiuj agadoj, senĉesa amaso da serĉadantoj kaj konfirmitaj kredantoj iris tien kaj reen inter Khúy kaj Chihríq.

Okazis en tiu tempo, ke elstara oficiulo de alta literatura kapablo, Mírzá Asadu’lláh, kiun Báb poste alnomis Dayyán, kaj kies fervoraj denuncoj de Lia Revelacio konfuzis tiujn, kiuj penadis konverti lin, sonĝis sonĝon. Kiam li vekiĝis, li decidis ne rakonti ĝin al iu, kaj, elektinte du versojn el la Korano, li skribis la jenan peton al Báb: “Mi elpensis en mia menso tri difinitajn aferojn. Mi petas vin malkaŝi al mi ilian karakteron.” Li petis Mírzá Muḥammad-`Alíon antaŭmeti tiun ĉi skribitan peton antaŭ Bábon. Kelkajn tagojn poste li ricevis respondon skribitan propramane de Báb, en kiu Li klarigis entute la cirkonstancojn de tiu sonĝo kaj konigis la precizajn tekstojn de tiuj versoj. La ĝusteco de tiu respondo okazigis neatenditan konvertiĝon. Kvankam li neniam kutimis piediri, tamen Mírzá Asadu’lláh rapidis piede laŭlonge tiun krutan kaj ŝtonarplenan vojeton, kiu kondukas el Khúy ĝis la kastelo. Liaj amikoj provis inklinigi lin rajdi al Chihríq, sed li rifuzis ilian proponon. Lia renkontiĝo kun Báb certigis lin pri lia kredo kaj ekscitis tiun fajran ardon, kiun li daŭre elmontris ĝis la vivofino.

|En tiu sama jaro Báb esprimis deziron, ke kvardek el siaj kunuloj entreprenu ĉiu aparte, verki traktaĵon kaj peni, per la helpo de versoj kaj tradicioj, starigi la validecon de Lia Misio. Liaj deziroj estis tuj plenumitaj, kaj la rezulto de iliaj laboroj estis ĝustatempe antaŭmetita antaŭ Lin. La traktaĵo de Mírzá  Asadu’lláh gajnis la absolutan admiron de Báb kaj rangis plej alte laŭ Lia takso. Li donis al li la nomon Dayyán kaj revelaciis je lia honoro la Lawḥ-i-Hurúfát,[300] en kiu Li faris la jenan deklaron: “Se la Punkto de la Bayán[301] havus nenian alian ateston, per kiu Li povus starigi sian veron, ĉi tio estus sufiĉa – ke Li revelaciis tian Tabuleton, tia Tabuleto, kian neniom da klereco povus verki.”

La anoj de la bayan, kiuj tute malkomprenis la fundamentan celon de tiu Tabuleto, opiniis, ke ĝi estas nura klarigo pri la arto de Jafr.[302] Kiam poste, en la fruaj jaroj de la enkarceroĝo de Bahá’u’lláh en la mallibereja urbo `Akká, Jináb-i-Muballigh petis, el Shíráz, ke Li solvu la misterojn de tiu Tabuleto, revelaciiĝis el Lia plumo klarigo, kiun tiuj, kiuj malkomprenis la vortojn de Báb, povus bone pripensadi. Bahá’u’lláh citis el la deklaroj de Báb, nerefuteblan atestaĵon pruvantan, ke la ekapero de la Man-Yuẓhiruhu’lláh[303] devas okazi ne malpli, ol deknaŭ jarojn post la Delkaro de Báb. La mistero pri la Mustagháth[304] longe konfuzis la plej traesplorajn spiritojn inter la anoj de la Bayán kaj pruviĝis esti nevenkebla malhelpo al ilia ekkono de la Promesito. Báb mem en tiu Tabuleto solvis tiun misteron; tamen, neniu povis kompreni Lian klarigon. Restis al Bahá’u’lláh senvualigi ĝin antaŭ la okuloj de la homaro.

---

[299] “Tie, kiel őie, la loăantoj fervore rapidis al Li. S-ro Mochenin diras en siaj memorskribaŕoj pri Báb: ‘En la monato Junio 1850 (őu ne estus pliăustadire en 1849?), irinte al Čľihríq por oficialaj aferoj, mi vidis la Bálá-Ňľánihon, de kies supro Báb instruis sian doktrinon. La homamasiăo estis tiel granda, ke la korto ne estis sufiőe vasta por enhavi őiujn aůskultantojn, kaj la plimulto restis en la strato kaj aůskultis kun pia seriozeco al la versoj de la nova Korano. Baldaů poste Báb estis translokigita al Tauris, kie oni kondamnis Lin al morto.’” (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p. 317.)

[300] Laůlitere »Tabuleto de la Literoj«.

[301] Unu de la titoloj de Báb.

[302] Sorőato.

[303] Aludo al Bahá’u’lláh. Vidu la Glosaron.

[304] Vidu la Glosaron.

La senlaca fervoro, kiun Mírzá Asadu’lláh elmontris, igis lian patron, |kiu estis intima amiko de ḥájí Mírzá Áqásí, raporti al li la cirkonstancojn, kiuj alkondukis al la konvertiĝo de lia filo, kaj informis lin pri lia malatento plenumi la devojn, kiujn la ŝtato devigis al li. Li longe priparolis pri la avido, kun kiu tiel kapabla servanto de la registaro leviĝis por servi sian novan Majstron, kaj la sukceso rezultanta pro liaj penadoj.

Plia kaŭzo por antaŭtimo flanke de la registaraj aŭtoritatuloj okazis pro alveno al Chihríq de derviŝo, kiu venis el Hindujo, kaj kiu, tuj kiam li konatiĝis Báb, akceptis la veron de Lia Misio. Ĉiuj, kiuj konatiĝis kun tiu derviŝo, kiun Báb nomis Qahru’lláh, dum ties pasloĝo en Iskí-Shahr, sentis la varmecon de lia entuziasmo kaj profunde impresiĝis per la persisteco de lia kredo. Pligrandiĝanta nombro de homoj enamiĝis pro la ĉarmo de lia personeco kaj volonte akceptis la devigan forton de lia Kredo. Tia estis lia influo super ilin, ke kelkaj inter la kredantoj emis konsideri lin kiel klariganton de Dia Revelacio, kvankam li tute malkonfiesis tiajn pretendojn. Oni ofte aŭdis lin rakonti la jenon: „En la tagoj, kiam mi okupis altan postenon de navvab en Hindujo,  Báb aperis al mi en vizio. Li rigardadis min kaj tute kaptis mian koron. Mi levig1is kaj ekservis Lin, kiam Li fikse rigardis min kaj diris: ‘Demetu vian grandiozan vestaron, foriru el via patrujo, kaj rapidu piede rekonti Min en Ádhirbáyján. En Chihríq vi atingos vian kordeziron.’ Mi plenumis liajn ordonojn kaj jam atingis mian celon.”

La novaĵo pri la tumulto, kiun tiu humila derviŝo povis okazigi inter la Kurdaj ĉefoj en Chihríq, atingis Tabrízon kaj el tiel estis komunikita al ṭihrán. Tuj kiam la novaĵo atingis la ĉefurbon, oni ordonis translokigi Bábon tuj al Tabríz, en la espero moderigi la eksciton, kiun okazigis Lia daŭra loĝado en tiu loko. Antaŭ ol la novaĵo pri ĉi tiu nova ordono atingis Chihríqon, Báb ordonis al `Aẓím informi Qahru’lláhon pri Lia deziro, ke li reiru al Hindujo kaj tie konsekru sian vivon al servado al Lia Afero. „Sola kaj piede“, Li ordonis lin, „li reiru tien, el

|kie li venis. Kun la samaj ardeco kaj sindediĉo, kun kiuj li plenumis sian pilgrimadon al tiu ĉo lando, li devas nun iri al sia patrujo kaj senĉese labori por antaŭenigi la interesojn de la Afero.” Li ankaŭ ordonis lin instrukcii al Mírzá Abdu’l-Vahhab-I-Turshizi, kiu estis loĝanta en Khúy, ke li iru tuj al Urúmíyyih, kien Li diris, ke Li baldaŭ kuniĝos kun li. `Aẓím mem estis ordonita foriri al Tabríz kaj tie informi al Siyyid Ibráhím-i-Khalíl pri Lia baldaŭa alveno al tiu urbo. “Diru al li”, Báb aldiris, “ke post nelonge la fajro de Nimrod estos ekbruligita en Tabríz, sed malgraŭ la varmegeco de ĝia flamo nenia malutilo okazos al niaj amikoj.”

Tuj kiam Qahru’lláh ricevis la komunikon de sia Majstro, li leviĝis por plenumi Liajn dezirojn. Al tiuj, kiuj deziris akompani lin, li diris: “Vi neniam povos travivi la suferojn de ĉi tiu vojaĝo. Forlasu la ideon veni kun mi. Vi certe pereus survoje, ĉar Báb ordonis al mi reiri sola al mia patrujo.” La deviga forto de lia respondo silentigis tiujn, kiuj petegis permeson vojaĝi kun li. Li rifuzis akcepti aŭ monon aŭ vestojn de iu. Sola, vestita per plej malluksaj vestoj, kun stango en la mano, li piediris la tutan vojon reen al sia patrujo. Neniu scias, kio fine okazis al li.

Muḥammad-`Alíy-i-Zunúzí, alnomita Anís, estis inter tiuj, kiuj aŭdis pri la revelacio de Báb en Tabríz, kaj li estis flamigita per deziro rapidi al Chihríq kaj atingi Lian ĉeeston. Tiuj vortoj ekbruligis en li nesubpremeblan sopiron oferi sin sur Lia vojo. Siyyid `Alíy-i-Zunúzí, lia duonpatro, konatulo de Tabriz, enerie malkonsentis, ke li forlasu la urbon, kaj fine estis inklinigita malliberigi lin en sia domo kaj severe gardi lin. Lia filo malvigliĝis dum sia malliberiĝo ĝis la tempo, kiam lia Amato atingis Tabrízon kaj estis rekondukita al sia malliberejo en Chihríq.

Mi aŭdis Shaykh ḥasan-i-Zunúzíon rakonti la jenon: „Ĉirkaŭ la sama tempo, kiam Báb forsendis `Aẓímon el sia ĉeesto, mi estis ordonita de Li |kolekti ĉiujn haveblajn Tabuletojn, kiujn Li revelaciis dum sia enkarceriĝo en la kasteloj de Máh-Kú kaj Chihríq, kaj transdoni ilin al Siyyid Ibráhím-i-Khalíl, kiu estis tiam loĝanta en Tabríz, kaj instigi lin kaŝi kaj gardi ilin plej zorgeme.

“Dum mia restado en tiu urbo, mi ofte vizitis Siyyid `Alíy-i-Zunúzíon, kiu estis parenco mia, kaj ofte aŭdis lin bedaŭregi la malfeliĉan staton de sia filo. ‘Li ŝajne perdis sian racion’, li amare plendis. ‘Per sia konduto li riproĉigis kaj hontigis min. Provu kvietigi la maltrankvilon de lia koro kaj inklinigu lin kaŝi siajn konvinkojn.’ Ĉiam, kiam mi vizitis lin, mi vidis la larmojn, kiuj senĉese fluis el liaj okuloj. Unu tagon, post la foriro de Báb el Tabríz, kiam mi iris vidi lin, mi miris rimarki la ĝojon kaj feliĉon, kiuj lumigis lian vizaĝon. Lia bela vizaĝo brilis pro ridetoj dum li venis akcepti min. ‘La okuloj de mia Amato’, li diris, ĉirkaŭbrakante min, ‘vidis tiun, ĉi vizaĝon, kaj ĉi tiuj okuloj rigardadis Lian vizaĝon.’ ‘Mi rakontu al vi’, li aldonis, ‘la sekreton de mia feliĉo. Post kiam Báb estis transkondukita reen al Chihríq, unu tagon, dum mi kuŝis malliberigita en mia ĉelo, mi turnis la koron al Li kaj petegis Lin per la jenaj vortoj: “Vi vidas, ho mia Plejamato, mian malliberiĝon kaj senhelpon, kaj scias, kiel avide mi sopiras rigardi Vian vizaĝon. Dispelu la malĝojon, kiu premas mian koron, per la lumo de Via vizaĝo.” Kiajn angore dolotigajn larmojn mi verŝis tiam! Kaptis min tiel ega emocio, ke mi ŝajne senkonsciiĝis. Subite mi aŭdis la voĉon de Báb, kaj, jen! Li estis vokanta min. Li ordonis min leviĝi. Mi vidis la majeston de Lia vizaĝo dum Li aperis antaŭ min. Li ridetis dum Li rigardis en miajn okulojn. Mi alkuregis kaj ĵetis min ĉe Liajn piedojn. “Ĝoju”, Li diris; “ĉar alproksimiĝas la horo, kiam, eĉ en ĉi tiu urbo, Mi estos pendigita antaŭ la okuloj de la popolamaso kaj viktimiĝos pro la pafofajro de la malamikaro. Mi elektos neniun krom vi por partopreni kun Mi la pokalon de martireco. Estu certita, ke ĉi tiu promeso, kiun Mi faras al vi, estos plenumita.” Mi raviĝis pro la beleco de tiu vozio.  Kiam mi rekonsciiĝis, mi trovis min enprofundiĝinta en oceano de ĝojo, ĝojo, kies brilecon ĉiuj malĝojoj de la mondo neniam povus malheligi. Tiu voĉo ankoraŭ sonoras en la oreloj. Tiu vizio restas kun mi kaj tage kaj nokte. La memoro de tiu neesprimebla rideto dispelis la solecon de mia malliberiĝo. Mi firme kredas, ke la horo, kiam Lia promeso estos plenumita, ne povas esti plu prokrastata.’ Mi kuraĝigis lin esti pacienca kaj kaŝi sian emocion. Li promesis al mi, ke li ne malkaŝos tiun sekreton, kaj entreprenis elmontri plejan

toleremon al Siyyid `Alí. Mi rapidis certigi la patron pri lia decido, kaj sukcesis okazigi lian liberiĝon. Ĝis la tago de sia martiriĝo tiu junulo daŭris asocii plej serene kaj ĝoje kun siaj gepatroj kaj parencoj. ke, en la tago, kiam li mortis pro sia Amato, la loĝantoj de Tabríz ĉiuj priploris kaj lamentis lin."

## *Ĉapitro XVIII*
## *Eldemandado de Báb ĉe Tabríz*

Báb atendante la alproksimiĝantan horon de sia aflikto, disigis siajn disĉiplojn, kiuj kolektiĝis en Chihríqon, kaj atendis kun kvieta rezignado la ordonon, kiu estis alvokonta Lin al Tabríz. Tiuj, en kies gardon Li estis transkondukita, opiniis, ke estus malkonsilinde trairi la urbeton Khúy, kiu kuŝas survoje al la ĉefurbo de Ádhirbáyján. Ili decidis iri voje de Urúmíyyih kaj tiel eviti la publikan tumulton, kiun la ekscitita loĝantaro en Khúy kredeble elmontrus kiel proteston kontraŭ la tiraneco de la registaro. Kiam Báb alvenis al Urúmíyyih, Malík Qásim Mírzá ceremonie akceptis lin kaj montris al Li plejan gastamecon. En Lia ĉeesto la princo agis kun eksterordinara respekto kaj rifuzis p0ermesi eĉ malplejan malrespekton flanke de tiuj, kiujn oni permesis konatiĝi kun Li.

En certa vendredo, kiam Báb estis ironta al la publika banejo, la princo, kiu scivolis elprovi la kuraĝon kaj povon de sia Gasto, ordonis al sia ĉebalisto proponi al Li unu el liaj plej sovaĝaj ĉevaloj por rajdi. Antaŭtimante, ke Báb suferos ian malutilon, la deĵoranto sekrete alproksimiĝis al Li kaj provis inklinigi Lin rifuzi surseliĝi sur ĉevalon, kiu jam renversis la plej kuraĝajn kaj plej lertajn rajdistojn. "Ne timu", estis Lia respondo. « Faru laŭordonite, kaj konfidu Nin al la prizorgo de la Plejpotenculo." La loĝantoj de Urúmíyyih, kiuj eksciis pri la intenco de la princo, amasiĝis en la placon, avidaj vidi tion, kio povus okazi al Báb. Tuj kiam la ĉevalo estis alkondukita al Li, Li kviete alproksimiĝis al ĝi kaj, ekprenante la bridon, kiun la ĉevalisto donis al Li, milde karesis ĝin kaj metis sian piedon en la piedigon. La ĉevalo staris trankvile kaj senmove apud Li kvazaŭ konscia pri la potenco superreganta ĝin. La popolamaso, kiu rigardadis tiun ĉi plej neordinaran vidaĵon, miris pri la konduto de la besto. Al iliaj simplaj mensoj ĉi tiu eksterordinara okazaĵo ŝajnis preskaŭ miraklo. En sia entuziasmo ili rapidis kisi la piedingojn de Báb, sed ili estis haltigitaj de la deĵorantoj de la princo, kiu timis, ke tiel granda alkurado malutilos Lin. La princo mem, kiu akompanis sian Gaston piede ĝis la ĉirkaŭaĵo de la banejo, estis ordonita de Li, antaŭ ol ili atingis ĝian enirejon, reiri al sia loĝadejo, Dum la tuta vojo la lakeoj de la princo penis deteni la homojn, kiuj el ĉiu flanko alamasiĝis ekrigardi Bábon. Ĉe sia alveno Li forsendis ĉiujn, kiuj akompanis Lin, krom la servisto de la princo kaj Siyyid ḥasan, kiuj atendis en la antaŭĉambro kaj helpis Lin senvesti sin. Ĉe sia reiro el la banejo Li denove surseliĝis sur la saman ĉevalon kaj estis aklamita de la sama popolamaso. La princo venis piede renkonti Lin kaj eskortis Lin reen al sia loĝadejo.

Tuj kiam Báb forlasis la banejon, la loĝantoj de Urúmíyyih kuregis forpreni ĝis la lasta guto la akvon, kiun Li uzis por sia lavado. Granda ekscito regis en tiu tago. Báb, dum Li observis tiujn ĉi signojn de nedetenebla entuziasmo, rememoris la ĉiekonatan tradicion ĝenerale atribuita al la Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj, kiu specife aludas al Ádhirbáyján. La lago Urúmíyyih, tiu sama tradicio asertas en siaj finaj frazoj, bolos, superfluos super siajn bor4dojn, kaj inundos la urbeton. Kiam Li poste eklernis kiel la ega plimulto el la loĝantoj spontanee leviĝis proklami sian plenan lojalecon al Lia Afero, Li kviete rimarkigis: "Ĉu oni opinias, ke, kiam ili diras, 'Ni kredas', ili estos lasitaj kaj ne elprovitaj?"[305] Ĉi tiu komento estis plene pravigita per la sintenado, kiun tiuj samaj homoj montris al Li, kiam atingis ilin la novaĵo pri la terura traktado, per kiu oni traktis Lin en Tabríz. En la horo de provo, apenaŭ plenmano inter tiuj, kiuj tiel malhumile deklaris sian kredon je Li, persistis en sia lojaleco al Lia Afero. Elstaranta inter ili estis Mullá Imám-Vardí, kies persiston de kredo neniu povis superi krom Mullá Jalíl-i-Urúmí, naskiĝinto de Urúmíyyih kaj unu el la Literoj de la Vivanto. Malbonsorto emis nur pliigi la arddecon de lia sindono kaj plifortigi‖ lian kredon je la justeco de la Afero, kiun Li akceptis. Li poste atingis la ĉeeston de Bahá'u'lláh, la veron de kies Misio li volonte ekkonis, kaj por kies antaŭenigo li strebis kun tiu sama varma fervoro, kiu karakterizis liajn antaŭajn strebojn por la antaŭenigo de la Afero de Báb. Kiel rekompenco pro liaj longdaŭraj servadoj, li, kaj ankaŭ lia familio, estis honorigitaj per multaj Tabuletoj el la plumo de Bahá'u'lláh, en kiuj Li laŭdis lian sciaĵon kaj alpreĝis la benojn de la Plejpotenculo sur liajn penadojn. Kun neŝancelabla decido li daŭre laboris por la antaŭenigo de la Kredo ĝis post la aĝo de okdek jaroj, kiam li mortis.

La rakontoj pri la signoj kaj mirindaĵoj, kiujn vidis la sennombraj admirantoj de Báb, estis transrakontitaj de buŝo al buŝo, kaj ili okazigis ondon de senekzempla etuziasmo, kiu disvastiĝis kun konfuziga rapideco tra la tuta lando. Ĝi tute kaptis ṭihránon kaj ekscitis la ekleziajn altrangulojn de la regno al novaj penoj kontraŭ Li. Ili tremis pri la progreso de Afero, kiu, ili estis certaj, se oni permesus ĝin antaŭeniri, baldaŭ inundus la instituciojn, de kiuj dependas ilia aŭtoritato, eĉ ili ekzisto. Ili vidis ĉiuflanke pliiĝantajn signojn de tiaj kredo kaj sindono, kiajn ili mem estis senpovaj elvoki, de tia lojaleco, kiu trafis eĉ la radikon de strukturo, kiun iliaj propraj manoj konstruis, kaj kiun ĉiuj eblaj rimedoj ankoraŭ malsukcesis ekdetrui.

Precipe Tabríz doloregis pro plej sovaĝa ekscito. La novaĵo pri la okazonta alveno de Báb flamigis la imagon de ĝiaj loĝantoj kaj ekbruligis la plej furiozan malamikecon en la koroj de la ekleziaj ĉefoj de Ádhirbáyján. El ĉiuj loĝantoj de Tabríz, nur ĉi tiuj detenis sin de partopreno en la publikaj esprimoj, per kiuj dankema loĝantaro salutis la revenon de

[305] Korano, 29:2.

Báb al ilia urbo. Tioma estis la fervoro de popola entuziasmo, kiun tiu novaĵo elvokis, ke la aŭtoritatuloj decidis loĝigi Bábon en lokon ekster la pordegoj de la urbo. Nur tiuj, kiujn Li deziris vidi, ricevis la privilegion alproksimiĝi al Li. Al ĉiuj aliaj oni malpermesis eniron.

|La duan nokton post sia alveno, Báb vokis `Aẓímon al si kaj, dum la konversacio kun li, asertis emfaze sian pretendon, ke Li estas neniu alia krom la promesita Qá'im. Tamen, Li trovis lin malinklina akcepti tiun ĉi pretendon senkondiĉe. Sentante lian internan maltrankvilon, Li diris: "Morgaŭ, en la ĉeesto de la Valí-`Ahd,[306] kaj meze de la kuniĝintaj ulemoj kaj konatuloj de la urbo, Mi proklamos Mian Mision. Kiu ajn emus postuli de Mi ianajn ateston krom la versoj, kiujn Mi revelaciis, tiu serĉu kontentigon de la Qá'im trovota en sia vana imago."

Mi aŭdis `Aẓímon atesti la jenon: "Tiun nokton mi estis en stato de ega agiteco. Mi restis maldorma ĝis sunleviĝo. Tamen, tuj kiam mi preĝis mian matenpreĝon, mi konsciiĝis, ke granda ŝanĝo okazis al mi. Ŝajnis, ke nova pordo malŝlosiĝis kaj malfermiĝis antaŭ mi. Mi baldaŭ konvinkiĝis, ke, se mi estu lojala al mia kredo je Mahometo, la Apostolo de Dio, mi kankaŭ senkondiĉe akceptu la pretendojn de Báb, kaj submetiĝu sen timo aŭ hezito al ĉio, kion Li elektus dekreti. Ĉi tiu konkludo kvietigis la maltrankvilon de mia koro. Mi rapidis al Báb kaj petis Lian pardonon. 'Estas plia signo pri la grandeco de ĉi tiu Afero', Li rimarkigis, 'ke eĉ `Aẓím[307] estas tiel ege maltrankviligita kaj agitita per ĝia forto kaj la grandegeco de ĝia pretendo.' 'Estu certita', Li aldiris, 'ke la favoro de la Plejpotenculo ebligos al vi plifortigi la timemulojn kaj firmigi la paŝojn de la ŝanceliĝuloj. Tiel granda estos via kredo, ke, eĉ se la malamiko kripligus kaj dismembrigus vian korpon en la espero malpliigi je unu joto aŭ streketo la ardecon de via amo, li malsukcesu atingi sian celon. Estonte vi sendube konatiĝos kun Tiu, kiu estas la Sinjoro de ĉiuj mondoj, kaj partoprenos la ĝojon de Lia ĉeesto.' Ĉi tiuj vortoj dispelis la malĝojon de miaj antaŭtimoj. De tiu tago nenia signo de timo aŭ maltrankvilo iam ajn denove surombris min."

La deteno de Báb ekster la pordego de Tabríz ne moderigis la eksciton, kiu regis en la urbo. Ĉiu antaŭzorga rimedo, ĉiu limigo, kiujn la aŭtoritatuloj |dekretis, emis nur pligravigi situacion, kiu jam iĝis malbonsigna kaj minacanta. ḥájí Mírzá Áqásí ordonis tojan kunvokon de la ekleziaj altranguloj de Tabriz en la oficialan loĝadejon de la guberniestro de Ádhirbáyján por la speciala celo akuzi Bábon kaj serĉi plej efektivajn rimedojn por estingi Lian influon. ḥájí Mullá Maḥmúd, titolata Niẓámu'l-`Ulamá, kiu estis guvernisto de Náṣiri'd-Dín Mírzá, la Valí-`Ahd,[308] Mullá Muḥammad-i-Mamáqaní, Mírzá `Alí-`Aṣghar, la Shaykhu'l-Islám, kaj aro de la plej eminentaj shaykhoj kaj ekleziuloj estis inter tiuj, kiuj kunvenis tiucele.[309] Náṣiri'd-Dín Mírzá mem ĉeestis tiun kunvenon. La prezido apartenis al Niẓámu'l-`Ulamá, kiu, tuj kiam la proceso komenciĝis, en la nomo de la kunsido komisiis al armea oficiro enkonduki Bábon en ilian ĉeeston. Popolamaso dume sieĝis la enirejon de la kunvenejo kaj malpacience atendis la tempon, kiam ili povus ekvidi Lian vizaĝon. Ili alamasiĝis tiel grandnombre, ke oni devis perforte fari vojon por Li tra la homamason, kiu kolektiĝis antaŭ la pordo.

Ĉe sia alveno, Báb rimarkis, ke ĉiu sidloko en tiu konvenejo estas okupita kron unu, kiun oni rezervigis por la Valí-`Ahd. Li salutis la kunsidon kaj, sen malpleja hezito, ekokupis tiun vakan sidlokon. La majesto de Lia paŝmaniero, la esprimo de subiga memfido, kiu montirĝis sur Lia frunto – super ĉio, la spirito de potenco, kiu brilis el Lia tuta esto, momente ŝajnis elpremigi la animon el la korpoj de tiuj, kiujn Li salutis. Profunda, mistera silento subite kaptis ilin. Neniu el tiu eminenta kunsido kuraĝis flustri eĉ unuopan vorton. Fine la silento, kiu kaptis ilin, estis rimpita de la Niẓámu'l-`Ulamá. "Kiu vi pretendas esti", li demandis al Báb, "kaj kio estas la komuniko, kiun vi alportas?" |"Mi estas," trifoje ekkriis Báb, "Mi estas, Mi estas la Promesito! Mi estas Tiu, kies nomon vi dum mil jaroj alpreĝis, je kies mencio vi leviĝis, kies alvenon vi sopiris vidi, kaj la horon de kies Revelacio vi preĝis al Dio rapidigi. Vere Mi diras, estas devige, ke la popoloj de la Oriento kaj la Okcidento obeu Mian vorton kaj ĵuru lojalecon al Mi." Neniu kuraĝis respondi krom Mullá Muḥammad-i-Mamáqaní, ĉefo de la shaykha komunumo, kiu mem estis foje disĉiplo de Siyyid Káẓim. Estis pri liaj malfideleco kaj malsincereco, ke la siyyid larmeme rimarkigis, kaj lian obstinegan karakteron li bedaŭregis. Shaykh ḥasan-i-Zunúzí, kiu aŭdis Siyyid Káẓimon fari tiujn ĉî kritikojn, rakontis al mi la jenon: "Mi miregis pri la maniero de lia aludo al Mullá Muḥammad, kaj mi scivolis scii, kia estas lia estonta konduto, ke ĝi meritu tiajn esprimojn de kompato kaj kondamno de lia majstro. Ĝis kiam mi eltrovis lian sintenadon en tiu tago al Báb, ĝis tiam mi ne komprenis la amplekson de liaj aroganteco kaj blindeco. Mi estis staranta kune kun aliaj personoj ekster la kunvenejo, kaj mi povis aŭdi la konversacion de tiuj, kiuj estis interne. Mullá Muḥammad estis sidanta maldekstraflanke de la Valí-`Ahd. Báb estis okupanta sidlokon inter ili. Tuj post kiam Li deklaris sin la Promesito, sento de sankta timo kaptis la ĉeestantojn. Ili klinigis la kapon en silenta konfuzo. La paleco de iliaj vizaĝoj evidentigis la maltrankvilon de iliaj koroj. Mullá Muḥammad, tiu unuokula kaj blankbarba renegatulo, insulteme mallaŭdis Lin, dirante: 'Vi aĉa kaj nematura knabo de Shíráz! Vi jam konvulsiis kaj renversis Irakon; ĉu vi nun deziras eksciti similan tumulton en Ádhirbáyján?' 'Via Moŝto', respondis Báb, 'Mi ne venis tien ĉi memvole. Oni alvokis Min tien ĉi.'

---

306 La heredonto de la trono.

307 Laulitere signifas "granda".

308 Li naskiĝis la 17an de julio, 1831; ekregis en septembro 1848; mortis in 1896. "Ŏi tiu princo forlasis ṭihránon la 23an de januaro 1848, por reatingi sian registaron, kaj, pro la morto de sia patro la 4an de septembro, li revenis la 18an de la sama jaro kiel ĕaho." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p.243, noto 195.)

309 "Historio de Vojaĝanto", (p.19) mencias ankaŭ la nomon de Mírzá Aḥmad la Imám-Jum'ih.

‘Silentu’, furioze rediris Mullá Muḥammad, ‘vi obstinega kaj malestiminda sekvanto de Satano!’ ‘Via Moŝto’, Báb denove respondis, ‘;Mi pretendas tion, kion Mi jam deklaris.’

“La Niẓámu’l-`Ulamá opiniis, ke estus plej bone malkaŝe disputi Lian Mision. ‘Via pretendo’, li diris al Báb, ‘estas miregiga; ĝi devos esti subtenata per plej nedisputebla atestaĵo.’ ‘La plej potenca, la plej konvinka atestaĵo pri la vereco de la Misio de la Profeto de Dio,’ |Báb respondis, ‘estas ja Lia propra Vorto. Li mem atestas la jenan veron: “Ĉu ne sufiĉas al ili, ke Ni desendis al Vi la Libron?”[310] La povo evidentigi tian atestaĵon estas Didonita al Mi. Mi deklaras min kapabla revelacii, en la daŭro de du tagoj kaj du noktoj, tiel grandnombrajn versojn, ke ili egalos la tutan Koranon.’ ‘Priskribu parole, se vi diras la veron’, la Niẓámu’l-`Ulamá petis, ‘la proceson de ĉi tiu kunveno en vortoj, kiuj similos la frazojn de la Korano, por ke la Valí-`Ahd kaj la kuniĝintaj teologoj atestu la veron de via pretendo.’ Báb volonte konsentis al lia peto. Tuj kiam Li eldiris la vortojn, ‘En la nomo de Dio, la Favorega, la Kompatema, laŭdoj estu al Li, kiu kreis la ĉielon kaj la teron’, Mullá Muḥammad-i-Mamáqaní interrompis kaj atentigis Lin pri rompo de la gramatikaj leĝoj. ‘Ĉi tiu memelektita Qá’im nia’, li kriis kun fierega malestimo, ‘eĉ ĉe la komenco de sia parolado evidentigis sian malklerecon pri la plej rudimentaj reguloj de gramatiko’, ‘La Korano mem’, insistis Báb, ‘neniel akordas kun la reguloj kaj kutimoj de homoj. La Vorton de Dio oni tute ne povas subigi al la limigoj de Liaj kreitaĵoj. Ne, la reguloj kaj kanonoj, kiujn oni alprenis, estis dedukitaj el la teksto de la Vorto de Dio kaj baziĝas sur ĝi. Eĉ en la tekstoj de tiu sankta Libro ĉi tiuj homoj eltrovis ne malpli, ol tricent okazoj de gramatika eraro egalaj al tiu, kiun vi nun kritikas. Ĉar ĝi estis la Vorto de Dio, ili havis nenian alternativon krom rezigni sin al Lia volo.’ [311]

“Li tiam ripetis tiujn samajn vortojn, kiujn LI aldiris, kaj kiujn Mullá Muḥammad denove kontraŭparolis. Baldaŭ poste, alia persono kuraĝis fari la jenan demandon al Báb: ‘Al kiu tempo apartenas la vorto Ishtartanna?’|Responde al li, Báb citis la jenan verson de la Korano: ‘Tute ne estu al la gloro de via Sinjoro, la Sinjoro de ĉiu grandeco, tio, kion oni imputas al Li, kaj paco estu al Liaj Apostoloj! Kaj laŭdoj estus al Dio, la Sinjoro de la mondoj.’ Tuj poste Li leviĝis kaj forlasis la kunvenon.”[312]

Al la Niẓámu’l-`Ulamá forte malplaĉis la maniero, laŭ kiu la konveno estis kondukita. “Kiel hontinda”, oni aŭdis lin ekkrii poste, “estas la malĝentileco de la loĝantoj de Tabríz! Kio ja povus esti la rilato inter ĉi tiuj vanaj rimarkigoj kaj la pripensado de tiel gravaj, tiel ege gravaj decidotaĵoj?” Kelkaj aliaj same emis denunci ilian hontindan traktadon de Báb tiuokazan. Tamen, Mullá Nuhammad-i-Mamaqani persistis en siaj fervoraj denuncoj. « Mi avertas vin », li laŭte protestis, “se vi permesos, ke ĉi tiu junulo daŭrigu nemalhelpate siajn agadojn, venos tago, kiam la tuta loĝantaro de Tabríz estos amasiĝintaj al lia standardo. En tiu tago, se li konigus deziron, ke ĉiuj ulemoj de Tabríz, ke la Valí-`Ahd mem, estu elpelitaj el la urbo, kaj ke li sola direktu la kondukadon de civila kaj eklezia aŭtoritato, neniu el vi, kiuj nun apatie rigardas lian aferon, sentos vin kapabla efike kontraŭstari lin. La tuta urbo, eĉ la tuta provinco Ádhirbáyján en tiu tago unuanime subtenos lin.”

|La persistaj denuncoj de tiu malbona konspiranto ekscitis la antaŭtimojn de la aŭtoritatuloj de Tabríz. La potenculoj konsiliĝis kune pri la plej efikaj rimedoj por rezisti la progreson de Lia Kredo. Kelkaj instigis, ke pro la videbla malrespekto, kiun Báb montris al la Valí-`Ahd per tio, ke Li okupis lian sidlokon sen lia permeso, kaj pro tio, ke Li ne petis permeson de la estro de tiu kunveno, kiam Li leviĝis por foriri, Li estu alvokita denove al simila kunveno kaj ricevu de ĝiaj anoj humiligan punon. Tamen, Nasiri’-Dín-Muḥammad-Vazír Mírzá rifuzis akcepti tiun ĉi proponon. Fine oni decidis, ke Báb estu kondukita al la hejmo de Mírzá `Alí-`Aṣghar, kiu estis kaj la Shaykhu’l-Islám de Tabríz kaj siyyid, kaj ke Li ricevu de la korpogardistaro de la guberniestro la punon, kiun Li meritas. La gardistoj rifuzis konsenti al ĉi tiu peto, ne dezirante intermeti sin en aferon, kiun ili konsideris la sola intereso de la ulemoj de la urbo. La Shaykhu’l-Islám mem decidis suferigi la punon. Li alvokis Bábon al sia hejmo, kaj propramane dekunufoje vergis Liajn piedojn.[313]

---

[310] Korano, 25:51.

[311] ”Se oni kontraŭparolas la gramatikon aŭ sintakson (de ĉi tiuj versoj) tiu kontraŭparolo estas vana, ĉar la reguloj (de gramatiko) devas esti eltiritaj el la versoj kaj ne la versoj aranĝitaj laŭ la reguloj. Cetere, estas nenia dubo, ke la Majstro de la versoj neis tiujn ĉi regulojn, eĉ neis, ke Li mem scias ilin.” (“La Persa Bayán”, vol. 1, pp.45-46.)

[312] Kaj rilate al la mahometanaj priskriboj, tiuj, kiuj estas antaŭ ni, ne ŝajnas esti veraj: ili ŝajnas esti falsitaĵoj. Laŭ nia scio pri Báb, povas esti, ke Li superis en la disputo, kaj ke la doktoroj kaj altranguloj, kiuj ĉeestis la kunvenon, ne volis enskribi sian propran fiaskon.” (“La Akordiĝo inter Gentoj kaj Religioj”, de d-ro T.K.Cheyne, p.62.) “Estas malfacile decidi, kiom da kredo meritas la supremenciita rakonto (la mahometana rakonto pri la eldemando de Báb en Tabríz.) Povas esti, ke oni faris tiujn demandojn, kiuj estas tie enskribitaj – kaj certe kelkaj el ili estas sufiĉe frivolaj kaj eĉ maldecaj; sed, eĉ se Báb ne estus kapabla respondi al ili, estas multe pli verŝajne, ke, kiel estas skribite en la ‘Táriňľ-i-Jadíd’, li digne silentis anstataŭ eldiri la absurdaĵojn atribuitaj al li de la mahometanaj verkistoj. Ĉi tiuj ja malbonigas sian propran kontraŭpledon; ĉar, dezirante pruvi, ke Báb ne estis dotita de superhoma saĝeco, ili figuris lin tia, ke li evidentigas tian malklerecon, kian ni preskaŭ ne povas kredi. Ke la tuta eldemando estis plena farso, ke la kondamnaĵo estis antaŭe decidita, ke oni ne provis serioze ekkompreni la karakteron kaj atestaĵon de la pretendo kaj doktrino de Báb, kaj ke de la komenco ĝis la fino oni sisteme celadis timigon, ironion kaj mokon, ŝajnas al mi faktoj ne malpli pruvitaj per la mahometanaj, ol per la babanaj priskriboj pri ĉi tiu inkvizicia proceso.” (“Historio de Vojaĝanto”, Noto M, p.290.)

[313] La jeno estas rakonto de d-ro Cormick pri siaj personaj impresoj pri Mírzá `Alí-Muḥammad Báb, eltirita el leteroj skribitaj de li al sinjoro pastro Benjamin Labaree, D.D. (D-ro Cormick estis angla kuracisto longe loĝanta en Tabríz, kie oni tute respektis lin. La dokumento estis komunikita al profesoro E.G. Browne de Cambridge Universitato, de s-ro W.A. Shedd, kiu skribis pri ĝi en letero datita Marto 1-an 1911: “Estimata profesoro Browne, pastro J.H. Shedd, D.D., de la Amerika Misio en Urúmíyyih, Persujo, la sama misio, kiel tiu de d-ro Benjamin Labaree), mi trovis ion, kio, mi opinias, estos valora laŭ historia vidpunkto. Mi havas neniujn librojn ĉi tie, kaj neniuj estas haveblaj ĉi tie, por certiĝi, ĉu ĉi tiu atestaĵo estis jam uzita aŭ ne. Mi opinias, ke eble ne, kaj mi estas certa, ke mi ne povas agi pli bone, ol per sendado de ili al vi, kun deziro, ke vi uzu ilin laŭ via opinio. Pri la aŭtenteco de la paperoj povas esti nenia dubo.”)

Vi petas kelkajn detalojn pri mia intervjuo kun la fondinto de la sekto konata kiel babanoj. Nenio grava okazis dum ĉi tiu intervjuo, ĉar Báb sciis, ke oni sendis min kun du aliaj persaj doktoroj por konstati, ĉu li estas racia aŭ nura frenezulo, por ke oni povu decidi la demandon, ĉu mortigi lin, aŭ ne. Sciante tion ĉi, li ne volis respondi iajn demandojn. Responde al ĉiuj demandoj li nur regardis nin milde, psalmokantante per

En tiu sama jaro tiu insultema tirano estis paralizita, kaj, post kiam li travivis plejan doloregon, li mizere mortis. Lia perfidema, avara kaj egoista karaktero estis ĉie konata de la loĝantoj de Tabríz. Malbonfame kruela kaj malnobla, lin timis kaj malamis la loĝantoj, kiuj ĝemis sub lia jugo kaj preĝis por liberiĝo. La mizeregaj cirkonstancoj de lia morto rememorigis kaj liajn amikojn kaj liajn kontraŭulojn pri la puno, kiu nepre atendas tiujn, kiujn nek timo al Dio nek voĉo de konscienco povas deteni de konduto tiel perfida kaj kruela al siaj kunhomoj. Post lia morto la ofico de Shaykhu'l-Islám estis forigita en Tabríz. Tia estis lia malgloro, ke eĉ la nomo de la institucio, kun kiu li interrilatis, fariĝis abomena al la loĝantoj.

Kaj tamen, lia sintenado, kiel ajn malinda kaj perfidema, estis nur unu ekzemplo de la malnobla konduto, kiu karakterizis la sintenadon de la ekleziaj ĉefoj inter liaj samlandanoj rilate al Báb. Kiel malproksime |kaj kiel dolorige ĉi tiuj erarvagis de la vojo de justeco! Kiel malestime ili forĵetis la konsilojn de la Profeto de Dio kaj la admonojn de la imámoj de la Kredo! Ĉu ĉi tiuj ne klare deklaris, ke, "se Junulo de Baní-Háshim[314] malkaŝiĝus kaj alvokus la popolon al nova Libro kaj novaj leĝoj, ĉiuj rapidu al Li kaj akceptu Lian Aferon"? Kvankam ĉi tiuj samaj imámoj klare deklaris, ke „la plejmulto el Liaj malamikoj estos ulemoj", tamen ĉi tiuj blindaj kaj malnoblaj homoj elektis sekvi la ekzemplon de siaj ĉefoj kaj konsideri ilian konduton kiel ekzemplon de pieco kaj justeco. Ili iras laŭ iliaj piedpaŝoj, absolute obeas al iliaj ordonoj, kaj konsideras sin la "savitoj", la "Dielektitoj", kaj la "gardantoj de Lia Vero".

El Tabríz Báb estis rekondukita al Chihríq, kie Li estis denove konfidita al la gardo de Yaḥyá Khán. Liaj persekutantoj espereme imagis, ke per tio, ke ili alvokas Lin al si, ili inklinigos Lin, pere de minacoj kaj timigoj, forlasi sian Mision. Tiu kunveno ebligis al Báb prezenti emfaze, en la ĉeesto de la plej eminentaj altranguloj kuniĝintaj en la ĉefurbo de Ádhirbáyján, la ĉeftrajtojn de sia pretendo, kaj refuti mallonge kaj konvinke la argumentojn de siaj kontraŭuloj. La novaĵo pri tiu gravega deklaro, ŝarĝita de tiel plenefikaj sekvoj, disvastiĝis rapide tute tra Persujo kaj denove ekscitis pli profunde la sentojn de la disĉiploj de Báb. Ĝi revivigis ilian fervoron, plifortigis ilian rangon, kaj antaŭsignis la grandegajn okazaĵojn, kiuj estis baldaŭ konvulsiontaj tiun landon.

Tuj kiam Báb reiris al Chihríq, Li skribis sentiman kaj fortan denuncon pri la karaktero kaj agado de ḥájí Mírzá Áqásí. En la unuaj frazoj de tiu epistolo, kiu titoliĝis Khuṭbiy-I-Qahríyyih,[315] la Aŭtoro alskribis la ĉefveziron de ŝaho Muḥammad en la jenaj vortoj: "Ho vi, kiu nekredis je Dio kaj deturnis vian vizaĝon de Liaj signoj!" tiu detala epistolo estis transsendita al ḥujjat, kiu en tiuj tagoj estis en malliberejo en ṭihrán. Li estis ordonita transdoni ĝin persone al ḥájí Mírzá Áqásí.

Estis mia privilegio aŭdi la jenan rakonton el la lipoj de Bahá'u'lláh en la mallibereja urbo Achor: "Mullá Muḥammad-`Alíy-i-Zanjání venis viziti min baldaŭ post kiam li transdonis tiun Tabuleton al ḥájí Mírzá Áqásí. Mi estis kun Mírzá Masiḥ-i-Núrí kaj aro de aliaj kredantoj, kiam li alvenis. Li rakontis la cirkonstancojn pri la transdono de la Tebuleto, kaj recitis al ni la tutan tekston, kiu estis longa je ĉirkaŭ tri paĝoj, kaj kiun li ellernis parkere." La maniero de la aludo de Bahá'u'lláh al ḥujjat montris, kiel ege plaĉis al Li la ĉasteco kaj nobleco de lia vivo, kaj kiel multe Li admiris lian sentiman kuraĝon, kian nesubigeblan volon, lian malavidecon, kaj lian neŝanceliĝan konstantecon.

## *Ĉapitro XIX*
## *La Tumulto de Mázindarán*

En tiu sama monato Sha'bán, kiu vidis la indignindaĵojn suferigitajn sur Bábon en Tabríz, kaj la afliktojn, kiuj okazis al Bahá'u'lláh kaj Liaj kunuloj en Níyálá, Mullá ḥusayn reiris el la tendejo de princo ḥamzih Mírzá al Mashhad, el kie li estis ironta sep tagojn poste al Karbilá, akompanata de tiu, kiun ajn li dezirus. La princo proponis al li monsumon por pagi liajn vojaĝelspezojn, kiun proponon li rifuzis kaj resendis la monon, kun peto, ke li elspezu ĝin por helpi la malriĉulojn kaj necesbezonulojn. `Abdu'l-`Alí Khán ankaŭ proponis provizi ĉiujn necesaĵojn por la projektita pilgrimado de Mullá ḥusayn, kaj esprimis deziregon pagi la elspezojn ankaŭ de tiu, kiun ajn li elektus por akompani lin.

---

mallaŭta melodia voĉo kelkajn himnojn, mi supozas. Krom duo da registaraj oficistoj, ankaŭ ĉeestis du aliaj siyyidoj, liaj intimaj amikoj, kiuj poste estis mortigitaj kun li. Nur unufoje li bonvolis respondi al mi, kiam mi diris, ke mi ne estas mahometano kaj volonte eklernus ion pri lia religio, ĉar eble mi estus inklinigita alpreni ĝin. Li fikse rigardis min, kiam mi diris tion ĉi, kaj respondis, ke li ne dubas, ke ĉiuj eŭropanoju aliĝos al lia religio. Nia raporto al la ŝaho en tiu okazo estis tia, ke oni ne mortigis lin. Li estis mortigita pli poste laŭ ordono de la Amír-Niẓám, Mírzá Taqí Khán. Pro nia raporto li ricevis nur bastonadon, dum kiu farráš, ĉu intence aŭ ne, batis per la bastono lian vizaĝon anstataŭ liajn piedojn, kiu kaŭzis grandan vundon kaj ŝveladon de la vizaĝo. Kiam oni demandis lin, ĉu oni alvoku persan ĥirurgon por kuraci lin, li konigis deziron, ke mi estus alvokita, kaj mi do kuracis lin dum kelkaj tagoj, sed en la intervjuoj sekvantaj mi neniam povis inklinigi lin konfidence babili kun mi ĉar kelkaj registaruloj ĉiam ĉeestis pro tio, ke li estis malliberulo. Li estis tre dankema pro miaj flegadoj al li. Li estis tre milda kaj malfortikaspekta homo. iom malalta kaj tre blonda por persono, kun melodia mallaŭta voĉo, kiu multe impresis min. Ĉar li estis Siyyid, li, kiel ankaŭ liaj du kunuloj, portis la vestojn de tiu sekto. Fakte, liaj tuta aspekto kaj sintenado inklinigis onin liafavore. Pri lia doktrino mi aŭdis nenion el liaj lipoj, kvankam estis ideo, ke ekzistas en lia religio certa alproksimiĝo al kristanismo. Kelkaj armenaj ĉarpentistoj, kiujn oni sendis por fari kelkajn riparojn en lia malliberejo, vidis lin legi la Biblion, kaj li ne penis kaŝi ĝin, sed kontraŭe, li parolis al ili pri ĝi. Plej certe, la mahometana fanatikeco ne ekzistas en lia religio rilate al kristanoj, nek estas tiu limigo de virinoj, kiu nun ekzistas." Rilate al ĉi tiu dokumento, profesoro Browne skribas jene: "La unua el ĉi tiuj dokumentoj estas valorega, ĉar ĝi priskribas la personan impreson faritan de Báb sur kleran kaj senpartian okcidentan menson, dum la periodo de liaj malliberiĝo kaj soferado. Al tre malmultaj okcidentaj kristanoj ebliĝis vidi, eĉ malplie interparoli kun Báb, kaj mi ne scias pri iu alia, kiu skribis siajn impresojn. ("Materialo por Studado de la Babana Religio", de E.G. Browne, pp.260-262, 264.)

[314] Háshim estis praavo de Mahometo.

[315] Laŭlitere "Prediko de Kolerego".

Ĉio, kion li akceptis de li, estis glavo kaj ĉevalo, kiujn ambaŭ li estis destinita utiligi kun plenaj kuraĝo kaj lerteco, kiam li repuŝis la atakojn de perfidema malamiko.

Mia plumo neniam povos priskribi sufiĉe la sindonon, kiun Mullá ḥusayn ekbruligis en la koroj de la loĝantoj de Mashhad, kaj ĝi ne povos sondi la amplekson de lia influo. Lia domo en tiuj tagoj estis senĉese sieĝata de amasoj da avidaj homoj, kiuj petegis permeson akompani lin dum lia projektita vojaĝo. Patrinoj alvenigis siajn filojn, kaj fratinoj siajn fratojn, kaj larmeme petegis lin akcepti ilin kiel iliajn plej amatajn oferojn sur la Oferaltaro.

Mullá ḥusayn estis ankoraŭ en Mashhad, kiam alvenis sendito portanta al li la turbanon de Báb kaj sciiganta la novaĵon, ke nova nomo, Siyyid `Alí, estis donacita al li de lia Majstro. "Ornamu vian kapon," estis la komuniko, "per Mia verda trubano, emblemo de Mia deveno, kaj, kun la Nigra Standardo[316] flirtanta antaŭ vi, rapidu al la Jazíriy-i-Khadrá',[317] kaj helpu Mian amatan Quddúson."

Tuj kiam tiu komuniko atingis lin, Mullá ḥusayn leviĝis por plenumi la deziron de sia Majstro. Foririnte el Mashhad al loko, kiu kuŝas ĉe distanco de farsango[318] de la urbo, li suprenlevis la Nigran Standardon, metis la turbanon de Báb sur la kapon, kaj signodonis por ilia marŝado al la Jazíriy-i-Khadrá'. Liaj kunuloj, kiuj nombris ducent du, entuziasme sekvis lin. Tiu memorinda tago estis la deknaŭa de Sha'bán, en la jaro 1264 p.H.[319] Kie ajn ili restis, en ĉiu vilaĝo kaj vilaĝeto, kiun ili trapasis, Mullá ḥusayn kaj liaj kundisĉiploj sentime proklamis la revelacion de la Nova Tago, invitis la loĝantojn akcepti ĝian veron, kaj elektis el tiuj, kiuj respondis al ilia alvoko, kelkajn, kiujn ili invitis kuniĝi kun ili dum la vojaĝo.

En la urbeto Nishápúr, ḥájí `Abdu'l-Majíd, patro de Badí',[320] kiu lasta estis konata komercisto, varbiĝis sub la standardon de Mullá ḥusayn. Kvankam lia patro ĝuis senegalan prestiĝon kiel posedanto de la plej bone konata minejo de turkisoj en Nishápúr, tamen li forlasis ĉiujn honorojn kaj korpajn profitojn ricevitajn en lia naskurbo, kaj promesis plenan lojalecon al Mullá ḥusayn. En la vilaĝo Míyámay, tridek el ĝiaj loĝantoj deklaris sian kredon kaj kuniĝis kun tiu anaro. Ili ĉiuj, krom Mullá `Isá, martiriĝis en la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí.[321]

Alveninte al Chashmih-`Alí, kiu kuŝas proksime al la urbeto Damghan sur la ĉefvojo al Mázindarán, Mullá ḥusayn decidis interrompi sian vojaĝon kaj resti tie kelkajn tagojn. Li entendiĝis en ombro de granda arbo, apud rivereto. „Ni estas ĉe la momento de decido," li diris al siaj kunuloj. "Ni atendu Lian ordonon, en kiun direkton ni iru." Ĉe la fino de la monato Shavvál,[322] furioza ventego ekiĝis kaj faligis grandan branĉon de tiu arbo; pri kio Mullá ḥusayn rimarkigis: "Per la volo de Dio, la arbo la regeco de ŝaho Muḥammad estas forŝirita kaj ĵetegita surteren." La trian tagon post tiu antaŭdiro, sendito survoje al Mashhad alvenis el ṭihrán kaj sciigis la morton de sia suvereno.[323] La sekvintan tagon la anaro decidis foriri al Mázindarán. Dum ilia ĉefo leviĝis por foriri, li montris en la direkton de Mázindarán kaj diris: "Jen estas la vojo, kiu kondukas al nia Karbilá. Kiu aun estas nepreta por la egaj suferoj antaŭ ni, tiu nun iru hejmen kaj forlasu la vojaĝon." Kelkafoje li ripetis tiun averton, kaj, alproksimiĝante al Savád-Kúh, klare deklaris: "Mi, kune kun septek du el miaj kunuloj, suferos morton pro la Plejamato. Kiu ajn ne kapablas forlasi la mondon, tiu nun foriru eĉ en ĉi tiu momento, ĉar poste li ne povos forkuri." Dudek el liaj kunuloj elektis reiri, ĉar ili sentis sin senpovaj kontraŭstari la suferojn, al kiuj ilia ĉefo daŭre aludis.

La novaĵo pri ilia alproksimiĝo al la urbeto Bárfurúsh timegigis la Sa'ídu'l-`Ulamáon. La ĝenerala kaj pliiĝanta popolareco de Mullá ḥusayn, la cirkonstancoj de lia foriro el Mashhad, la Nigra Standardo flirtanta antaŭ li – super ĉio, la nombro, la disciplino, kaj la entuziasmo de liaj kunuloj, kune ekscitis la nepacigeblan malamon de tiu kruela kaj regema mujtahid. Li ordonis al la anoncisto, ke li alvoku la loĝantojn de Bárfurúsh al la masjid kaj anoncu, ke tiel gravega prediko estas farota de li, ke neniu lojala aliĝinto de Islámo en tiu ĉirkaŭaĵo povus ignori ĝin. Ega homamaso kuniĝis en la mashidon, vidis lin supreniri la katedron, terenĵeti sian turbanon, disbutonumi sian ĉemizkolon, kaj bedaŭregi la staton, en kiun la Kredo estas falinta. "Vekiĝu," li tondris el la katedro, "ĉar niaj malamikoj staras eĉ ĉe niaj pordoj, pretaj forigi ĉion, kion ni ameme gardas kiel puran kaj snaktan en Islámo! Se ni preterlasos rezisti ilin, restos neniu, kiu postvivos ilian atakon. La ĉefo de tiu anaro venis sola unu tagon kaj ĉeestis miajn klasojn. Li tute

---

[316] Vidu paĝon

[317] Laŭlitere "Verda Insulo".

[318] Vidu la Glosaron.

[319] 21. Julio, 1848 p.Kr.

[320] Portanto de la Tabuleto de Bahá'u'lláh al ěaho Náṣiri'd-Dín.

[321] "Li (Mullá ḥusayn) alvenis unue al Míyámay, kie li kuniăis kun tridek bábanoj, kies őefo, Mírzá Zaynu'l-`Ábidín, disőiplo de la mortinta Šľayňľ Aḥmad-i-Aḥsá'í, estis maljunulo pia kaj respektegata. Lia fervoro estis tiel arda, ke li venigis kun si sian bofilon, junulo de 18 jaroj, kiu ŕus antaů kelkaj tagoj edziăis kun lia filino. 'Venu,' li diris al li, 'venu fari kun mi mian lastan vojaăon. Venu, őar mi deziras esti vera patro al vi, kaj igi vin partopreni la ăojon de saviteco.' Ili do foriris, kaj piede la maljunulo deziris vojaăi sur la vojo, kiu estis kondukonta lin al martiriăo." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 290.)

[322] 31. Aůgusto – 29. Septembro, 1848 p.Kr.

[323] Ěaho Muḥammad mortis en la antaůvespero de la sesa de Šľavvál (4. Septembro, 1848 p.Kr.). "Estis interreăado de őirkaů 2 monatoj. Oni organizis provizoran registaron konsistantan el 4 administristoj sub prezido de la vidvino de la mortinta ěaho. Fine, kaj post granda maltrankvilo, la heredonto, laůleăa, la juna princo, guberniestro de Áď'ľirbáyján, Náṣiri'd-Dín Mírzá, estis surtronigita." (Ŕurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.367.)

ignoris min kaj traktis min kun videbla malestimo en la ĉeesto de miaj disĉiploj. Ĉar mi rifuzis doni al li la honorojn, kiujn li atendis, li kolere leviĝis kaj ĵetegis sian disputon al mi. En la tempo, kiam ŝaho Muḥammad estis sur la trono kaj dum plej potenca periodo, ĉi tiu viro havis la troriskemon ataki min tiel amare. Kiajn ekscesojn ne faros ĉi tiu instiganto de malbono, kiu nun alproksimiĝas kiel estro de sia sovaĝa anaro, post kiam la protektanta mano de ŝaho Muḥammad estas subite firigita! Estas la devo de ĉiuj loĝantoj de Bárfurúsh, kaj junaj kaj maljunaj, kaj viroj kaj virinoj, armi sin kontraŭ ĉi tiuj malestimindaj detruantoj de Islámo, kaj ĉielpove rezisti ilian atakon. Morgaŭ, je tagiĝo, vi ĉiuj leviĝu kaj eliru elmortigi ilian anaron."

La tuta kongregacio leviĝis responde al lia alvoko. Lia fervora elokventeco, la nedisputebla aŭtoritato, kiun li uzis sur ilin, kaj la timo, ke ili perdos siajn vivojn kaj posedaĵojn, efikis kune por inklinigi la loĝantojn de tiu urbeto fari ĉiun eblan pretigon por la alproksimiĝanta bataleto. Ili armis sin per ĉiu armilo, kiun ili povis aŭ trovi aŭ elpensi, kaj eliris je tagiĝo el la urbeto Bárfurúsh, tute decidintaj kontraŭstari kaj mortigi la malamikojn de sia Kredo kaj rebi iliajn propraĵojn.[324]

Tuj kiam Mullá ḥusayn decidis sekvi la vojon kondukantan al Mázindarán, li ordonis al siaj kunuloj, tuj post kiam li preĝis sian matenpreĝon, ke ili forĵetu ĉiujn siajn havaĵojn. "Postlasu ĉiujn viajn apartenaĵojn", li instigis al ili, "kaj kontentiĝu nur per viaj ĉevaloj kaj glavoj, por ke ĉiuj vidu vian forlason de ĉiuj surteraĵoj kaj ekkonprenu, ke ĉi tiu anareto de la elektitaj kunuloj de Dio ne deziras protekti sian propran havaĵon, des malpli deziri la havaĵojn de aliaj." Ili tuj obeis kaj, senŝarĝiginte siajn ĉevalojn, leviĝis kaj ĝoje sekvis lin. La patro de Badí' estis la unua, kiu flankenĵetis sian saketon enhavantan konsiderindan kvanton da turkisoj, kiujn li alportis kun si el la minejo de sia patro. Unu vorto de Mullá ḥusayn estis sufiĉa por inklinigi lin ĝeti ĉe la vojflankon tion, kio estis sendube lia plej ŝatata havaĵo, kaj firmteni la deziron de sia ĉefo.

Ĉe distanco de farsango[325] de Bárfurúsh, Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj renkontis siajn malamikojn. Homamaso, plene ekipita per armiloj kaj municio estis kuniĝita kaj baris ilian vojon. Furioza esprimo de sovaĵeco estis sur iliaj vizaĝoj, jak la plej abomenaj malbenoj aŭdiĝis senĉese el iliaj lipoj. La kunuloj, kontraŭ la tumulto de ĉi tiu kolera homamaso, estis elingigontaj siajn glavojn. "Ankoraŭ ne", ordonis ilia ĉefo; "ĝis kiam la atakanto devigos al ni protekti nin, ĝis tiam niaj glavoj ne elingiĝu." Li estis apenaŭ eldirinta tiujn ĉi vortojn, kiam la pafado de la malamiko direktiĝis kontraŭ ili. Ses el la kunuloj estis tuj terenĵetegitaj. "Amata ĉefo," ekkriis unu el ili, "ni leviĝis kaj sekvis vin kun nenia deziro krom oferi nin sur la vojo de la Afero, kiun ni akceptis. Permesu, ni petas vin, ke ni defendu nin, kaj ne lasu, ke ni viktimiĝu tiel hontinde pro la pafado de la malamiko." "La tempo ankoraŭ ne venis," respondis Mullá ḥusayn, "la nombro estas ankoraŭ neplena." Kuglo tuj poste penetris la bruston de unu el liaj kunuloj, siyyid de Yazd,[326] kiu piediris la tutan vojon el Mashhad al tiu loko, kaj kiu rangis inter liaj plej fidelaj sekvantoj. Ĉe ekvido de tiu sindona kunulo mortfaligita ĉe siajn piedojn, Mullá ḥusayn suprenrigardis al la ĉielo kaj preĝis: "Rigardu, ho Dio, mia Dio, la staton de viaj elektitaj kunuloj, kaj vidu la bonvenon, kiun ĉi tiu popolo donis al viaj amatoj. Vi scias, ke ni havas nenian deziron krom gvidi ilin al la vojon de Vero kaj donaci al ili scion pri Via Revelacio. Vi mem ordonis al ni, ke ni defendu niajn vivojn kontraŭ la atakoj de la malamiko. Fidela al Via ordono, mi nin leviĝas kun miaj kunuloj rezisti la atakon, kiun ili ellancis kontraŭ ni."[327]

Elingiginte sian glavon kaj instiginte sian ĉevalon mezen de la malamiko, Mullá ḥusayn postsekvis kun mirinda sentimo la atakinton de sia mortfaligita kunulo. Lia kontraŭulo, kiu timis kontraŭstari lin, rifuĝis malantaŭ arbon kaj, supretenante sian muskedon, provis protekti sin. Mullá ḥusayn tuj rekonis lin, alkuregis, kaj per unuopa glavbato tratranĉis la arbotrunkon, la muskedbarelon, kaj la korpon de sia malamiko.[328] La miregiga forto de tiu bato konfuzis la

---

[324] "La ministro (Mírzá Taqí Ňľán) kun pleja arbitreco, sen instrukcioj kaj sen permeso, őien ordonis, ke oni punadu la bábanojn. Guberniestroj kaj magistratanoj serőis pretekston por amasigi riőaŕojn, kaj oficistoj rimedojn por akiri profitojn; eminentaj doktoroj el siaj katedroj instigis al la homoj fari ăeneralan atakon; la fortoj de la religia kaj la civila leăoj kuniăis kaj strebis elradikigi kaj detrui tiun ői popolon. Nu, ői tiuj homoj ankoraů ne akiris la veran kaj necesan scion pri la fundamentaj principoj kaj kaěitaj doktrinoj de la instruoj de Báb, kaj ili ne komprenis siajn devojn. Iliaj komprenpovo kaj ideoj estis laů malmoderna maniero, kaj iliaj konduto kaj sintenado laů antikva kutimo. Plie, la alproksimiăa vojo al Báb estis fermita kaj la fajro de aflikto videble flamis őiuflanke. Őe la dekreto de la plej eminentaj el la doktoroj, la registaro, kaj eő la loăantaro, kun nekontraůstarebla potenco inau guris rabadon őiuflanke, kaj okupiăis je punado kaj turmentego, je mortigado kaj prirabado, por ke ili povu estingi tiun ői fajron kaj velkigi tiujn ői kompatindulojn. En urbetoj, kie ői tiuj estis malgrandnombraj, őiuj, enkatenigitaj, mortis per la glavo, dum en urboj, kie ili estis grandnombraj, ili leviăis por defendi sin laů siaj enatůaj kredoj, őar estis neeble, ke ili demandu pri sia devo, kaj őiaj pordoj estis fermitaj." ("Historio de Vojaăanto", pp.34-5.)

[325] Vidu la Glosaron.

[326] La kuglo trafis rekte en la bruston kaj subite mortigis la jamnomitan Siyyid Riđáon. Li estis viro de puraj kaj simplaj moroj, de arda kaj sincera fervoro. Pro respekto al sia őefo li őiam piediris apud Lia őevalo, preta servi Lin je plej malgranda okazo." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 294.)

[327] "Neniu estu mortigita pro nekredo, őar mortigi homon estas ekster la religio de Dio; ... kaj se iu ordonas tion, tiu ne estas kaj ne estis ano de la Bayán, kaj nenia peko povas esti al li pli granda, ol ői tio." ("La Bayán", Vidu Ŕurnalo de la Reăa Azia Societo, Okt., 1889, art-o 12, pp.927-8.)

[328] "Sed sufero kaj kolero dekobligis la fortojn de ői tiu (Mullá ḥusayn), kiu, per unuopa armilbato, detranőis la pafilon, la homon kaj la arbon." (Mírzá Jání alskribas, ke la bušľrúano uzis en ői tiu okazo la dekstran manon. La mahometanoj mem ne dubas pri la aůtentikeco de ői tiu anekdoto. ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 295 kaj noto 215.) "Tiam Jináb-i-Bábu'l-Báb deturniăis, dirante, 'Nun ili devigis al ni protekti nin'; premtenis la glavtenilon; kaj, kontenta pri tio, kion la providenco de Dio ordonis, ekdefendis sin. Malgraů liaj maldika kaj malfortika korpo kaj tremanta mano, tia estis liaj kuraăo kaj bravegeco en tiu tago, ke, kiu ajn povis vidi la veron, tiu povis klare vidi, ke tiaj forto kaj kuraăo povus esti nur Didevenaj, preter homa komprenpovo... Tiam mi vidis Mullá ḥusaynon elingigi sian glavon kaj suprenrigardi őielen, kaj aůdis lin ekkrii: 'Ho Dio, mi plenigis la pruvon al ői tiu anaro, sed malsukcese.' Tiam li ekatakis nin dekstraflanke kaj maldekstraflanke, Mi ŕuras je Dio, ke en tiu tago li manuzis la glavon laů tia maniero, kiu superegas la homan povon. Nur la rajdistoj de Mázindarán eltenis kaj rifuzis forkuri. Kaj kiam Mullá ḥusayn flamiăis pro la bataleto, li kuratingis forkurantan soldaton. La soldato ěirmis sin

malamikaron kaj paralizis iliajn penojn. Ĉiuj forkuris penikfrapitaj pro tiel eksterordinara evidentiĝo de lerteco, de forto, kaj de kuraĝo. Ĉi tiu rimarkinda faro estis la unua siaspeca, kiu atestis la bravegecon kaj heroecon de Mullá ḥusayn, faro, kiu gajnis por li la laŭdon de Báb. Ankaŭ Quddús laŭdis la trankvilan sentimon, kiun Mullá ḥusayn elmontris en tiu okazo. Sciiĝinte pri la novaĵo, li laŭdire citis la jenan verson el la Korano: "Do ne estis vi, kiu mortigis ilin, sed Dio mortigis ilin; kaj tiuj sagoj apartenis al Dio, ne al vi. Li elpruvas la fidelulojn per afabla pruvo de si; vere, Dio aŭdas, scias. Ĉi tio okazis, por ke Dio ankaŭ neniigu la ruzon de la senkreduloj."

En la jaro 1265 p.H.[329], monaton post la fino de la memorinda batalo de Shaykh ṭabarsí, mi mem audis Mírzá Aḥmadon rakonti la cirkonstancojn de ĉi tiu okazaĵo en la ĉeesto de aro da kredantoj, inter kiuj estis Mírzá Muhammad-Husayn-i-Hakamiy-i-Kirmani, ḥájí Mullá Isma'il-i-Farahani, Mírzá Habibu'llah-i-Isfahani, kaj Siyyid Muḥammad-i-Iṣfahání.

Kiam poste mi vizitis Khurásánon kaj gastis ĉe Mullá ṣádiq-i-Khurásání en Mashhad, kien oni invitis min por instrui la Aferon, mi petis al Mírzá Muḥammad-i-Furúghí, en la ĉeesto de aro da kredantoj, inter kiuj estis Nabíl-i-Akbar kaj la patro de Badí', ke li klarigu al mi la veran karakteron de tiu miregiga raporto. Mírzá Muḥammad emfaze deklaris: "Mi mem vidis tiun agon de Mullá ḥusayn. Se mi ne estus vidinta ĝin per miaj propraj okuloj, mi neniam estus kredinta ĝin." Tiurilate la sama Mírzá Muḥammad rakontis al ni la jenan historin: "Post la batalo de Vas-Kas, kiam princo Mihdi-Kuli Mírzá estis tute venkita kaj forkuris nudpiede de antaŭ la kunuloj de Báb, la Amír-Niẓám[330] severe riproĉis lin. `Mi konfidis al vi,' li skribis al li, 'la mision venki plenmanon da junaj kaj malestimindaj studentoj. Mi disponigis al vi la armeon de la ŝaho, kaj tamen vi permesis ĝin suferi tiel malhonoran malsukceson. Kio estus okazinta al vi, mi demandas min, se mi estus konfidinta al vi la mision venki la kuniĝintajn militistarojn de la rusa kaj turka registaroj?' La princo opiniis, ke estus plej bone konfidi al sendoto la fragmentojn de la barelo de tiu sama pafilo, kiu estis deshakita per la glavo de Mullá ḥusayn, kaj instrukcii al li, ke li donu ilin persone al la Amír-Niẓám.'Tia', estis lia komuniko al la Amír, ‚estas la malestiminda forto de kontraŭulo, kiu, per unuopa 'glavbato, frakasis en ses pecojn la arbon, la muskedon, kaj ĝian tenanton.'

Tiel konvinka atestaĵo pri la forto de lia malamiko signis al la Amír-Niẓám disputon, kiun neniu en lia posteno kaj aŭtoritato povus ignori. Li decidis bridi la potencon, kiu per tiel sentima ago strebis aserti sin kontraŭ lia militistaro. Senpova venki Mullá ḥusaynon kaj liajn kunulojn juste kaj honore malgraŭ la superega nombro de siaj soldatoj, li malnoble turnis sin al perfido kaj trompo kiel rimedoj por atingi sian celon. Li ordonis al la princo, ke li alfiksu sian sigelon sur la Koranon kaj promesu la honoron de siaj oficiroj, ke de nun ili detenos sin de ia malamika ago kontraŭ la okupantoj de la fortikaĵo. Per ĉi tiuj rimedoj ebliĝis al li inklinigi ilin senarmiĝi, kaj suferigi sur siajn sendefendajn kontraŭulojn premigan kaj malgloran malsukceson."

Tia rimarkinda evidentiĝo de manlerteco kaj forto nepre altiris la atenton de sufiĉe granda nobro da observantoj, kies koroj ankoraŭ restis nemakulitaj de antaŭjuĝo aŭ malico. Ĝi elvokis la entuziasmon de poetoj, kiuj en diversa urboj de Persujo sentis sin instigitaj glori la heroaĵojn de la aŭtoro de tiel kuraĝa ago. Iliaj poemoj helpis dissemi la scion kaj eternigi la memoron de tiu potenca faro. Inter tiuj, kiuj laŭdis la kuraĝon de Mullá ḥusayn, estis certa Riḍá-Qulí Khán-i-Lalíh-Báshí, kiu, en la "Táríkh-i-Náṣirí", laŭdis la grandegan forton kaj la senegalan lertecon, kiuj karakterizis tiun baton.

Mi kuraĝis demandi al Mírzá Muḥammad-i-Furúghí, Ĉu li scias, ke en la "Násikhu't-Taváríkh" oni menciis la fakton, ke Mullá ḥusayn en sia juneco lernis la glavlertecon, ke li akiris sian kapablecon nur post sufiĉe longa edukada periodo. "Tio estas absoluta elpensaĉo", certigis Mullá Muḥammad. "Mi konas lin de lia juneco, kaj mi kunestis kun li dum longa tempo kiel kunlernanto kaj amiko. Mi neniam sciis, ke li posedas tiajn forton kaj potencon. Mi eĉ konsideras min supera je forto kaj korpa energio. Lia mano tremis dum li skribis, kaj li ofte esprimis sian nekapablon skribi tiel multe kaj tiel ofte, kiel li deziras. Li estis ege malhelpata tiurilate, kaj li suferadis pro tiuj efikoj ĝis sia vojaĝo al Mázindarán. Tamen, tuj kiam li elingis sian glavon por repuŝi tiun sovaĝan atakon, mistera povo ŝajnis subite transformi lin. En ĉiuj postaj bataletoj, oni vidis lin esti la unua, kiu elsaltis kaj instigis sian ĉevalon en la tendejon de la atakanto. Sen ia ajn helpo li kutimis kontraŭstari kaj batali kontraŭ la kuniĝintaj militistaroj de siaj malamikoj, kaj mem atingi venkon. Ni, kiuj sekvis lin malantaŭe, devis kontentiĝi per tiuj, kiuj estis jam kripligitaj kaj malfortigitaj per la batoj, kiujn ili suferis. Eĉ nur lia nomo sufiĉis por terurigi la korojn de liaj malamikoj. Ili forkuris je mencio de li; ili tremis je lia alproksimiĝo. Eĉ tiuj, kiuj estis liaj konstantaj kunuloj, multiĝis pro miro antaŭ li. Ni miregis pri la elmontrado de lia

malantaů arbon, kaj strebis protekti sin pli per sia muskedo. Mullá ḥusayn tiel ekbatis lin, ke li trahakis lin kaj la arbon kaj la muskedon en ses pecojn." ("Táríňľ-i-Jadíd", pp.49, 107-8.)

[329] 1848-9 p.Kr.

[330] Mírzá Taqí Ňľán, I`timádu'd-Dawlih, őefveziro kaj posteulo de ḥájí Mírzá Áqásí. La jena sludo al li troviăas en "historio de Vojaăanto" (pp.32-3): "Mírzá Taqí Ňľán Amír-Niýám, kiu estis őefministro kaj őefregento, kaptis en la premtenon de sia despota potenco la kondukadon de ětataj aferoj, kaj instigis la őevalon de sia ambicio en la arenon de obstino kaj őefeco. Ői tiu ministro estis homo sensperta kaj nepripensema pri graveco de agoj; sangavida kaj senhonta; kaj rapida kaj preta verěi sangon. Severan punadon li konsideris kiel saăan administradon, kaj malafable kontraůkonduti, aflikit, kaj timegigi la popolon li kinsideris kiel subtenadon por antaůenigi la monarklandon. Kaj őar Lia Moěto la reăo estis en la florperiode de juneco, la ministro emis al strangaj kapricoj kaj sonigis la tamburon de absolutismo en (la kondukado de) aferoj; je sia propra decidemo, sen permeso de la Reăa Őeesto aů konsiliăo kun prudentaj ětatistoj, li ordonis, ke oni persekutu la bábanojn, opiniante, ke per tromemfida devigo li povus elradikigi kaj subpremi tiaspecajn aferojn, kaj ke severeco produktus bonajn fruktojn; kvanakm (fakte) intermeti sin en aferojn de konscienco estas simple permesi al ili pli grandan publikecon kaj forton; ju pli oni strebas estingi, des pli la flamo ekbruliăos, precipe en aferoj pri kredo kaj religio, kiuj, tuj kiam sango estas verěita, disvastiăas kaj akiras influon, kaj profunde efikas sur homajn korojn."

ega forto, lia nesubigebla volo kaj plena sentimo. Ni ĉiuj konvinkiĝis, ke li ĉesis esti tiu Mullá ḥusayn, kiun ni konis, kaj ke en li loĝadas spirito, kiun nur Dio povas donaci."

Ĉi tiu sama Mírzá Muḥammad-i-Furúghí rakontis al mi la jenon: "Tuj kiam Mullá ḥusayn tiel memorinde batis sian kontraŭulon, li malaperis de antaŭ ni. Ni ne sciis, kien li iris. Nur lia deĵoranto, Qambar-`Alí, povis sekvi lin. Li poste informis nin, ke lia majstro ĵetis sin senpripense sur siajn malamikojn, kaj per unuopa glavbato povis mortfaligi ĉiun, kiu kuraĝis ataki lin. Malatenteme pri la kugloj, kiuj pluvis sur lin, li devigis vojon tra la malamikaron kaj iris al Bárfurúsh. Li rajdis rekte al la domo de la Sa'ídu'l-`Ulamá, trifoje ĉirkaŭis lian domon, kaj kriis: 'Tiu malestiminda timulo, kiu incitis la loĝantojn de ĉi tiu urbeto faradi sanktan militon kontraŭ ni kaj malhonore kaŝis sin malantaŭ la murojn de sia domo, elvenu el sia malglora rifuĝejo. Li ekzemplu la sincerecon de sia peto kaj la justecon de sia afero. Ĉu li forgesis, ke tiu, kiu predikas sanktan militon, devas mem marŝi antaŭ siaj sekvantoj, kaj per siaj propraj faroj devas ekbruligi ilian sindonon kaj subteni ilian entuziasmon?'

La voĉo de Mullá ḥusayn supersonis la bruegadon de la popolamaso. La loĝantoj de Bárfurúsh kapitulacis kaj baldaŭ laŭtigis la krion: "Pacon, pacon!" Tuj kiam la voĉo de cedo laŭtiĝis, oni aŭdis el ĉiu flanko la aklamadojn de la sekvantoj de Mullá ḥusayn, kiujn oni vidis tiumomente galopantajn al Bárfurúsh. La krio "Yá ṣáhibu's-Zamán!"[331] kiun ili laŭtvoĉe kriegis, konsternis la korojn de tiuj, kiuj aŭdis ĝin. La kunuloj de Mullá ḥusayn, kiuj forlasis la esperon denove trovi lin vivan, miregis, kiam ili vidis lin rektsidantan sur sia ĉevalo, nevundita kaj nedifektita per la furiozo de tiu atako. Ĉiu respektege alproksimiĝis al li kaj kisis liajn piedingojn.

En tiu sama posttagmezo estis plenumita la paco, kiun la loĝantoj de Bárfurúsh petegis. Al la homamaso, kiu kolektiĝis ĉirkaŭ li, Mullá ḥusayn parolis la jenajn vortojn: "Ho sekvantoj de la Profeto de Dio, kaj ŝianoj de la Imámoj de Lia Kredo! Kial vi leviĝis kontraŭ ni? Kial opinii la elverŝon de nia sango kiel agon laŭdindan antaŭ Dio? Ĉu ni iam malkonfesis la veron de via Kredo? Ĉu ĉi tio estas la gastameco, kiun la Apostolo de Dio ordonis al siaj sekvantoj elmontri egale al kredanto kaj senkredulo? Kion ni faris por meriti tian kondamnon viaparte? Pripensu: Mi sola, per nenia armilo krom mia glavo, povis kontraŭstari la kuglopluvon, kiun la loĝantoj de Bárfurúsh verŝis sur min, kaj mi elvenis sendifekta el la pafado, per kiu vi sieĝis min. Kaj mi kaj mia ĉevalo eliĝis nevunditaj el via premega atako. Krom la grateto, kiun mi ricevis sur mian vizaĝon, vi estis senpovaj vundi min. Dio protektis min kaj volis starigi antaŭ vi la superecon de sia Kredo."

Tuj poste Mullá ḥusayn iris al la karavana loĝeejo de Sabzih-Maydán. Li elseliĝis kaj, starante ĉe la enirejo de la gastejo, atendis la alvenon de siaj kunuloj. Tuj kiam ili kuniĝis kaj gastiĝis en tiu loko, li petis, ke oni havigu panon kaj akvon. Tiuj, kiuj estis komisiitaj alporti ilin, revenis malplenmane, kaj informis lin, ke ili ne povis havigi aŭ panon de la bakisto aŭ akvon el la placo. "Vi admonis al ni", ili diris al li, "ke ni fidu je Dio kaj rezignu nin al Lia volo. 'Nenio povas okazi al ni krom tio, kion Dio difinis por ni. Nia Sinjoro estas Li; kaj je Dio la kredantoj fidas!'"[332]

Mullá ḥusayn ordonis, ke la pordoj de la karavana loĝejo estu fermitaj. Kuniginte siajn kunulojn, li petegis ilin, ke ili restu kune en lia ĉeesto ĝis sunsubiro. Dun la verspero estis alproksimiĝanta, li demandis, ĉu iu inter ili volus leviĝi kaj, oferinte la vivon por sia Kredo, supreniri la tegmenton de la karavana loĝejo kaj soni la adhánon.[333] Junulo ĝoje akcepti. Tuj kiam la malfermitaj vortoj "Alláh-u-Akbar" aŭdiĝis el liaj lipoj, kuglo subite trafis lin kaj tuj kaŭzis lian morton. "Alia inter vi leviĝu", Mullá ḥusayn instigis ilin, "kaj kun precize la sama rezigno daŭrigu la preĝon, kiun tiu junulo ne povis fini." Alia junulo ekstaris, kaj tuj kiam li eldiris la vortojn, "Mi atestas, ke Mahometo estas la Apostolo de Dio," ankaŭ li estis faligita per alia kuglo de la malamiko. Tria junulo, je ordono de sia ĉefo, provis fini la preĝon, kiun liaj martirigitaj kunuloj devis lasi nefinita. Ankaŭ li suferis la saman sorton. Dum li estis finonta sian preĝon jak eldiranta la vortojn, "Estas nenia Dio krom Dio," li siavice mortfalis.

La faligo de sia tria kunulo decidigis Mullá ḥusaynon ekmalfermi la pordon de la karavana loĝejo, kaj leviĝi kune kun siaj amikoj por repuŝi tiun ĉi neatenditan atakon de perfidema malamiko. Eksurseliĝinte, li signalis, ke oni ataku la atakantojn, kiuj amasiĝis antaŭ la prodoj kaj plenigis la Sabzih-Maydánon. Kun glavo en la mano, kaj sekvata de siaj kunuloj, li sukcesis pereigi multajn el la militistaro, kiu militordiĝis kontraŭ li. La malmultnombraj, kiuj evitis iliajn glavojn, forkuris panike de antaŭ ili, jen petegante pacon, jen petegante kompaton. Ĉe alproksimiĝo de la vespero la tuta

---

[331] Vidu la Glosaron.

[332] Korano, 9:52.

[333] "Bábu'l-Báb", diris nia aŭtoro, "volante samtempe plenumi religian devon kaj doni ekzemplon pri la firmeco de la konvinkiteco de la kredantoj, de ilia malestimo por la vivo, kaj elmontri al la mondo la egan malpiecon de tiuj, kiuj nomis sin mahometanoj, ordonis, ke unu el liaj kunuloj supreniru terason kaj kantu la aďl'ánon." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. pp. 295-6.) "Estis en Marand," skribas Lady Sheil, "ke mi unue aůdis la aďl'ánon, aů la alvokon de la mahometanoj al preăo, tiel solenan kaj imponan, precipe kiam oni psalmokantas ăin, őar ăi estas efektive psalmokanto... Li turnis sin al Mekko, kaj metinte la manojn malfermajn sur la kapon, proklamis en laůta sonora voőo, 'Alláh-u-Akbar', kiun li ripetis kvarfoje; tiam »Ašl'had-u-an-lá-iláh-a-illa'lláh« – (Mi atestas, ke estas nenia Dio krom Dio), dufoje; tiam »Ašl'had-u-inna-Muḥammadan-Rasú'lláh« – (Mi atestas, ke Mahometo estas la Profeto de Dio), dufoje; tiam 'Mi atestas, ke `Alí, la Komandanto de la Kredantoj, estas la amiko de Dio.' ... La unuopa sonoro en la mortsonorado por transporti la mortintojn al ilia fina tera loăejo vekas, eble pro kutimeco, ideojn de profunda soleneco; tiel ankaů faras la trumpeto eűanta tra la tendejo, kiam ăi enkondukas la dragonon en lian tombon; sed super ambaů, en solena timo, estas la vekriado eűanta malproksimen super la valoj kaj monetoj de Munster, anoncante, ke Gaelano alkolektiăis al sia popolo. La aďl'án vekas alian impreson. Ăi ekscitas en la animo plurajn sentojn, de digno, soleneco, kaj sindono, kompare al kio la bruego de sonoriloj fariăas sensignifaj. Estas impone aůdi noktomeze la unuajn sonojn de la muezino proklamanta 'Alláh-u-Akbar – Potenca estas la Sinjoro – Mi atestas, ke ne estas alia Dio krom Dio!' La katedroj de Sankta Petro kaj Sankta Paůlo kune ne povas prezenti ion egalan al ăi!" ("Ekvidoj pri la Vivmaniero kaj Moroj en Persujo", pp. 84, 85.)

homamaso malaperis. La Sabzih-Maydán, kiu antaŭ kelkaj horoj estis plenega de svarmanta amaso da malamikoj, estis nun senhoma. La bruegado de la popolamaso estis silentigita. Kovrita per la korpoj de la martigitoj, la maydán kaj ĝia ĉirkaŭaĵo elmontris malĝojan kaj kortuŝan vidaĵon, sceno, kiu atestis la venkon de Dio super siajn malamikojn.

Tiel ektimiga venko[334] inklinigis aron de la nobeloj kaj ĉefoj de la loĝantaro intermeti sin kaj petegi kompaton de Mullá ḥusayn por siaj kunloĝantoj. Ili venis piede por antaŭmeti antaŭ lin sian peton. "Dio estas nia atestanto", ili petegis, "ke ni kaŝas nenian interncon krom starigi pacon kaj repacigon inter ni. Restu sur via ĉevalo tempospacon, ĝis ni estos klarigintaj nian motivon." Sentante la seriozecon de ilia alpeto, Mullá ḥusayn elseliĝis kaj invitis ilin kuniĝi kun li en la karavenan loĝejon. "Ni, kontraŭe al la loĝantoj de ĉi tiu urbeto, scias, kiel akcepti fremdulon," li diris, invitante ilin eksidi apud lin kaj ordonante, ke oni servu al ili teon. "La Sa'ídu'l-`Ulamá," ili respondis, "sola respondecas pro tio, ke li ekbruligis la fajron de tiel multa malbono. La loĝantoj de Bárfurúsh neniel devus esti implikitaj pro la krimo, kiun li faris. La pasinteco nun estu forgesita. Ni sugestus, pro la intereso de ambaŭ partioj, ke vi kaj viaj kunuloj foriru morgaŭ al Ámul. Bárfurúsh doloregas pro granda ekscito; ni timas, ke ili estus instigitaj denove ataki vin." Mullá ḥusayn, kvankam sugestanta la malsincerecon de la loĝantoj, konsentis al ilia propono; ĉe kio `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní[335] kaj ḥájí Muṣṭafá Khán leviĝis kune kaj, ĵurante je la Korano, kiun ili kunportis kun si, solene deklaris sian intencon konsideri ilin kiel siajn gastojn dum tiu nokto, kaj la sekvontan tagon instrukcii al Khuraw-i-Qádí-Kalá'í[336] kaj cent rajdistoj, ke ili certigu ilian sendanĝeran trairon tra Shír-Gáh. "La malbeno de Dio kaj Liaj Profetoj estu sur ni, kaj en ĉi tiu mondo kaj en la venonta," ili aldiris, "se ni iam permesos, ke plej malgranda malutilo estu suferigita sur vin kaj vian anaron."

Tuj kiam ili faris sian deklaron, alvenis iliaj amikoj, kiu iris por havigi manĝaĵojn por la kunuloj kaj furaĝon por iliaj ĉefaloj. Mullá ḥusayn ordonis al siaj samkredantoj, ke ili finu la faston, pro tio, ke en tiu tago, kiu estis vendredo, la dektua de la monato Dhi'l-Qa'dih[337] neniu el ili manĝis nek trinkis de tagiĝo. Tiel granda estis la aro de la eminentuloj kaj iliaj deĵorantoj, kiuj amasiĝis en la karavanan loĝejon en tiu tago, ke nek li nek iuj el liaj kunuloj partoprenis la teion, kiun ili donis al siaj gastoj.

Tiun nokton, ĉirkaŭ kvar horojn post sunsubiro, Mullá ḥusayn, kune kun siaj amikoj, manĝis kun `Abbás-Qulí Khán kaj ḥájí Muṣṭafá Khán. En tiu sama noktomezo, la Sa'ídu'l-`Ulamá alvokis Khusraw-i-Qadi-Kala'ion kaj konfidence sciigis al li sian deziron, ke, en tempo aŭ loko de li decidota, la tuta propraĵo de la anaro konfidita al li estu kaptita, kaj ke ili mem senescepte estu mortigitaj. "Ĉu ĉi tiuj ne estas sekvantoj de Islamo?"" Khrusaw rimarkigis. "Ĉu ĉi tiuj samaj homoj, kiel mi jam eklernis, ne preferis oferi tri el siaj kunuloj, ol lasi nefinita la alvokon al preĝo, kiun ili laŭtigis? Kiel ni, kiuj gardas tiajn ruzojn kaj faras tiajn agojn, estu konsiderataj kiel indaj je tiu nomo?" Tiu senhonta malbonegulo insistis, ke liaj ordonoj estu fidele plenumitaj. "Mortigu ilin", li diris, dum li fingromontris al la kolo, "kaj ne timu. Mi respondecas pri via ago. En la juĝotago mi respondecos al Dio pro vi. Ni, kiuj tenas la sceptron de aŭtoritato, estas certe pli bone informitaj, ol vi, kaj povas pli bone juĝi, kiel plej bone ekstermi tiun ĉi herezon."

Je sunleviĝo `Abbás-Qulí Khán petis, ke Khusraw estu enkondukita al li, kaj ordonis al li, ke li elmontru plejan indulgon al Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj, certigu ilian sendanĝeran trairon tra Shír-Gáh, kaj rifuzu kiajn ajn rekompencojn ili dezirus proponi al li. Khusraw pretekstis submetiĝon al ĉi tiuj instrukcioj kaj certigis lin, ke nek li nek liaj rajdistoj malseverigos sian atenton aŭ detiros sin en sia sindono al ili. "Ĉe nia reveno," li aldiris, "ni montros al vi lian propran skribitan esprimon de kontentiĝo pri la servoj, kiujn ni faris al li."

Kiam Khusraw estis kondukita de `Abbás-Qulí Khán kaj ḥájí Muṣṭafá Khán kaj aliaj reprezentigaj ĉefoj de Bárfurúsh en la ĉeeston de Mullá ḥusayn kaj konatigita al li, ĉi tiu rimarkigis: "'Se vi bone faros, bone rezultos al via propra profito; kaj se vi malbone faros, la malbono reiros sur vin."[338] Se ĉi tiu viro bone traktos nin, granda estos lia rekompenco; kaj se li agos perfideme al ni, granda estos lia puno. Al Dio ni konfidas nian Aferon, kaj al Lia volo ni tute rezignas nin."

---

[334] "Sa`ídu'l-`Ulamá', volante nepre fini je őiu ajn kesto, kunigis tiom da homoj, kiom li povis, kaj denove komencis la sieăon antaů la karavana loăejo: la batalo jam daůris kvin aů ses tagojn, kiam aperis `Abbás-Qulí Ňľán Sardár-i-Lárījání. Dume, kaj efektive tuj de la komenco de la batalo, la ulemoj de Bárfurúšľ, koleregitaj pro la multnombraj konvertiăoj, kiujn Quddús sukcesis fari en la urbo – 300 dum unu semajno, kiel konstatas iom nevoleme la historiistoj mahometanaj – turnis sin al la guberniestro de la provinco, princo Ňľánlar Mírzá; ői tiu tute ne atentis ilian plenadon, őar li havis multajn aliajn zorgojn. La morto de ěaho Muḥammad maltrankviligis lin multe pli, ol la plenadaőo de la mulláoj, kaj li pretiăis iri al ṭihrán por saluti la novan suverenon, kies afablecon li esperis havigi al si. Pro tio, ke ili ne sukcesis tiuflanke, kaj pro la sufiőe gravaj okazaŕoj, kiuj repidege okazis, la ulemoj skribis uräegan leteron al la őefmilitisto de la provinco, `Abbás-Qulí Ňľán-i-Láríjání.Ői tiu, opiniante, ke estas malutile ăeni sin, sendis Muḥammad Bigon, yavar (kapitano), antaů 300 soldatoj por reordigi la aferojn. Estis tiam, ke la mahometanoj eksieăis la karavanan loăejon. La batalo daůris, sed, se dek bábanoj estis mortigitaj, pli grandega nombro da atakantoj estis venkrenversitaj. Pro tio, ke la aferoj daůris longe, `Abbás-Qulí Ňľán opiniis, ke li devas mem veni por kontroli la situacion." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. pp. 296-7.)

[335] Gobineao priskribas lin en la jenaj vortoj: "La turkaj kaj persaj nomadoj pasigas la vivon őasante, ofte ankaů militante, kaj precipe parolante pri őasado kaj militado. Ili estas kuraăaj, sed ne őiam, kaj bone priskribus ilin la vortoj de Barntome, kiu, dum siaj militaj travivbaŕoj, oftege trovis similan kuraăon, kiun li sufiőe bone nomis unutaga kuraăo. Sed tiaj estas la nomadoj tute seněanăe kaj konstante, grandaj parolantoj, grandaj ruinigantoj de urboj, grandaj masbuőantoj de herooj, grandaj mortigantoj de popolamasoj; őiel konsiderante, naivaj, tre malkaěaj rilate al siaj sentoj, tre eksplodemaj rilate al esprimo de tio, kio kolerigas ilin, ege amuzaj. `Abbás-Qulí Ňľán-i-Láríjání, ja altranga homo, estis tipo de perfekta nomado." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.171.)

[336] Malbonfama kanajlo, kiu ofte ribelis kontraů la registaro.

[337] 10. Oktobro 1848 p.Kr.

[338] Korano, 17:7.

Mullá ḥusayn parolis tiujn ĉi vortojn kaj signalis foriron. Denove oni aŭdis Qambar-`Alíon laŭtigi la alvokon de sia majstro, "Surseliĝu, ho herooj de Dio!" – alvoko, kiun li ĉiam ekkriis en tiaj okazoj. Ĉe la sono de tiuj vortoj, ili ĉiuj rapidis al siaj ĉevaloj. Taĉmento el la rajdistoj de Khusraw marŝis antaŭ ili. Ili estis sekvataj de Khusraw kaj Mullá ḥusayn, kiuj rajdis flankon ĉe flanko meze de la anaro. Malantaŭ ili sekvis la ceteraj kunuloj, kaj dekstre kaj maldekstre marŝis la cetero de la cent rajdistoj, kiujn Khusraw armis kiel volontajn perilojn por la ekzekuto de sia ruzo. Estis interkonsentite, ke la anaro ekiru frumatene el Bárfurúsh kaj alvenu la saman tagon je tagmezo al Shír-Gáh. Du horojn post sunleviĝo ili ekiris al sia vojaĝocelo. Khusraw intence iris laŭ vojo tra la arbaro, vojo, kiu laŭ lia opinio pli bone taŭgus al li.

Tuj kiam ili penetris ĝin, li signalis, ke oni ataku. Liaj soldatoj furioze ĵetis sin sur la kunulojn, kaptis iliajn havaĵojn, mortigis aron, inter kiuj estis frato de Mullá ṣádiq, kaj venkoprenis la ceterajn. Tuj kiam la krio de angoro kaj aflikto atingis liajn orelojn, Mullá ḥusayn haltis, kaj, elseliĝinte, protestis kontraŭ la perfidema konduto de Khusraw. "La tagmeza horo pasis jam de longe," li diris al li; "ni ankoraŭ ne atingis nian destinon. Mi rifuzas pliiri kun vi; mi malpostula viajn gvidadon kaj konecon kaj tiujn de viaj soldatoj." Turninte sin al Qambar-`Alí, li petis lin, ke li sternu lian preĝmaton, por ke li povu preĝi. Li estis lavadanta sin, kiam Khusraw, kiu nakaŭ elseliĝis, alvokis unu el siaj deĵorantoj kaj ordonis al li informi Mullá ḥusaynon, ke se li deziras atingi sian vojaĝocelon sendanĝere, li transdonu al li kaj sian glavon kaj sian ĉevalon. Rifuzinte respondi, Mullá ḥusayn komencis preĝi. Baldaŭ poste, Mírzá Muhammad-Taqiy-i-Juvayniy-i-Sabzivari, viro de literatura kapablo kaj sentima kuraĝo, iris al deĵoranto, kiu estis pretiganta la Qalyánon,[339] kaj petis lin, ke li permesu al li porti ĝin persone al Khusraw; peto, kiun li volonte plenumis. Mírzá Muḥammad-Taqí estis kliniĝanta ekbruligi la fajron de la Qalyán, kiam, puŝeginte la manon neatendite en la ĉebruston de Khusraw, li eltiris lian ponardon el lia vesto kaj enigis ĝin ĝistenile en lian internaĵon.[340]

Mullá ḥusayn estis ankoraŭ preĝanta, kiam la krio "Ya ṣáḥibu'z-Zamán"[341] estis denove laŭtigita de liaj kunuloj. Ili ĵetis sin sur siajn perfidemajn atakantojn kaj dum unu ekatako faligis ilin ĉiujn krom la deĵoranto, kiu pretigis la Qalyánon. Ektimigita kaj sendefenda, li ĵetis sin ĉe la piedojn de Mullá ḥusayn kaj petegis lian helpon. Estis donita al li la juvelornamita Qalyán, kiu paratenis al lia majstro, kaj li estis ordonita reiri al Bárfurúsh kaj rakonti al `Abbás-Qulí Khán ĉion, kion li vidis. "Diru al li", diris Mullá ḥusayn, "kiel fidele Khusraw plenumis sian mision. Tiu trompa malbonegulo malsaĝe imagis, ke mia misio jam finiĝis, ke mia glavo kaj mia ĉevalo ambaŭ jam plenumis sian taskon. Li tute ne sciis, ke ilia laboro ja ĵus komenciĝis, ke ĝis plenumiĝos la servoj, kiujn ili povos doni, nek lia potenco nek la potenco de iu alj alia homo povos fortiregi ilin de  mi."

Pro tio, ke la nokto estis alproksimiĝanta, la anaro decidis resti tie ĝis tagiĝo. Je tagiĝo, post kiam Mulla ḥusayn preĝis, li kunigis siajn kunulojn kaj diris: "Ni alproksimiĝas al nia Karbilá, nia fina vojaĝocelo." Trovinte, ke kelkaj provis porti kun si la apartenaĵojn de Khusraw kaj de liaj soldatoj, li ordonis al ili postlasi ĉion krom siaj glavoj kaj ĉevaloj. "Decas al vi", li sugestegis, "alveni al tiu sankta loko en stato de plena sindediĉo, tute sanktigitaj de ĉio, kio apartenas al ĉi tiu mondo."[342] Li piediris distancon de maydán,[343] kiam li alvenis la sanktejon de Shaykh ṭabarsí.[344] La Shaykh estis unu el la transdonantoj de la tradicioj atribuitaj al la Imámoj de la Kredo, kaj lia timbo estis vizitata de la loĝantoj de la ĉirkaŭaĵo. Atinginte tiun lokon, li recitis la jenen verson el la Korano: "Ho mia Dio, benu mian alvenon al tiu ĉi loko, ĉar nur Vi povas bonvoli tiajn benojn."

En la nokto antaŭ ilia alveno, la gardisto de la sanktejo sonĝis, ke la Siyyidu'sh-Shuhadá', la Imám ḥusayn, alvenis al Shaykh ṭabarsí akompanata de ne malpli, ol sepdek du militistoj kaj granda aro de siaj kunuloj. Li sonĝis, ke ili restis en tiu loko, okupiĝis je la plej heroaj bataloj, venkis en ĉiu bataleto super la militistaron de la amlamiko, kaj ke la Dia Profeto mem alvenis unu nokton kaj kuniĝis kun tiu benita anaro. Kiam Mullá ḥusayn alvenis la sekvintan tagon, la gardisto tuj rekonis lin kiel la heroon, kiun li vidis en sia vizio, ĵetis sin ĉe liajn piedojn kaj pie kisis ilin. Mullá ḥusayn invitis lin eksidi apud lin, kaj aŭdis lin rakonti sian historion. "Ĉio, kion vi vidis," li certigis la gardiston de la sanktejo,

---

[339] Vidu la Glosaron.

[340] Laů "Historio de Vojaăanto" (p.36), estis Mírzá Luṭf-`Alí, la sekretario, kiu eltiris sian ponarsdon kaj pikmortigis Ňľusrawon.

[341] Vidu la Glosaron.

[342] "Poste, turninte sin al siaj kunuloj: 'Dum ői tiuj kelkaj tagoj, kiuj ankoraů restas al ni, ni atentu, por ke pereemaj riőaŕoj ne malpacigu kaj disigu nin. Őio tio estu por ni őiuj, kaj őiu el ni profitu de ăi.' La bábanoj ăoje konsentis pri tio, kaj estas ői tiu mirinda forofero, ői tiu perfekta abnegacio, kiu kulpigis ilin kaj ankoraů kulpigas ilin pri tio, ke ili volas komunecon de havaŕoj kaj de virinoj!" ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p.  299.)

[343] Vidu la Glosaron.

[344] Sanktejo de Šľayňľ Ahmad-ibn-i-Abi-Talib-i-ṭabarsí, kiu kuĕas őirkkaů dekkvar majlojn sudoriente de Bárfurúšľ. Profesoro Browne de Cambridge Universitato vizitis la kokon la 26an de septembro, 1888, kaj vidis la nomon de la enterigita sanktulo surskribitan sur tebuleto kun la vortoj uzataj por lia "vizitado", kaj la tabuleto pendis de la palisaro őirkaůanta la tombon. "Ăi konsistas nun," li skribas, "el ebena, herboplena enfermitaŕo őirkaůita de kreskaŕbarilo, kaj, krom la sanktejaj konstruaŕoj kaj alia konstruaŕo őe la trairejo (kontraů kiu, sed ekster la enfermitaŕo, staras la domo de la mutávallís, aů gardisto de la sanktejo), enhavas nenion keom du aů tri oranăarboj, kaj kelkaj malbone faritaj tomboj kovritaj de plataj ětonoj, verĕajne la lasta ripozejo de la bábanaj defendintoj. La konstruaŕo őe la trairejo estas alta je du etaăoj, ăi estas trairata laů la trairejo, kiu alkondukas al la enfermitaŕo, kaj ăi estas kovrita per tegoloj. La sanktejaj konstruaŕoj, kiuj staras en la plej malproksima parto de la enfermitaŕo, estas iom pli ellaboritaj. Ilia pleja longeco (őiraků 20 paĕojn) kuĕas oriente kaj okcidente; ilia larăeco estas őirkaů dek paĕojn; kaj, krom la tegita enirejo, ili enhavas du őambrojn nesufiőe lumigitajn per ligna palisaro super la pordoj. La tombo de la Šľayňľ, por kiu la loko nomoăas, staras őirkaůita de ligna palisaro en la mezo de la interna őambro, kiu estas atingebla aů per pordo alkondukanta al la ekstera őambro, aů per pordo malfermiăanta eksteren en la enfermitaŕon." (Por skizoj kaj desegnaŕoj, vidu la tradukitan de la au1toro "Táríňľ-i-Jadídon".) ("Jaro inter la Persoj", de E.G. Browne, p. 565.)

“certe okazos. Tiuj gloraj scenoj estos denove ludataj antaŭ viaj okuloj.” Tiu servanto fine kuniĝis kun la heroaj defendantoj de la fortikaĵo kaj martiriĝis interne de ĝiaj muroj.

Eĉ en la tago de ilia alveno, kiu estis la dekkvara de Dhi’l-Qa’dih,[345] Mullá ḥusayn donis al Mírzá Muḥammad-Báqir, konstruinto de la Bábíyyih, la preparajn instrukciojn rilate al la plano de la fortikaĵo, kiu estis konstruota por ilia defendo. Ĉirkaŭ tiu sama verspero ili trovis sin subite ĉirkaŭitaj de kontraŭorda amaso da rajdistoj, kiuj elvenis el la arbaro kaj pretiĝis pafadi sur ilin. “Ni estas el la loĝantoj de Qádí-Kalá”, ili kriegis. “Ni venis venĝi la sangon de Khusraw. Ĝis kiam ni estos glavmortigintaj vin, ĝis tiam ni ne estos kontentaj.” Sieĝataj de sovaĝa homamaso preta ekkapti ilin, la anaro devis denove elingigi siajn glavojn memdefende. Laŭtigante la krion “Yá ṣáḥibu’z-Zamán”, ili antaŭensaltis, repuŝis la atakantojn, kaj forpelis ilin. Tiel granda estis la kriego, ke la rajdistoj malaperis tiel subite, kiel ili aperis. Mírzá Muḥammad-Taqíy-i-Juvayní ĉe sia propra peto komandis tiun bataleton.

Timante, ke iliaj atakantoj atakos ilin denove kaj turnos sin al ĝenerala masbuĉado, ili postsekvis ilin ĝis ili atingis vilaĝon, kiun ili supozis esti la vilaĝo Qádí-Kalá. Ekvidinte ilin, ĉiuj viroj forkuris pro ega teruro. En la rezultanta konfuzo la patrino de Naẓar Khán, posedanto de la vilaĝo, estis senatente mortigita en la nokta mallumo. La kriegoj de la virinoj, kiuj furioze protestis, ke ili havas nenian rilaton kun la loĝantoj de Qádí-Kalá, baldaŭ atingis la orelojn de Mírzá Muḥammad-Taqí, kiu tuj ordonis al siaj kunuloj, ke ili detenu sin ĝis ili eltrovos la nomon kaj karakteron de la loko. Ili baldaŭ eltrovis, ke la vilaĝo apartenas al Naẓar Khán, kaj ke la virino, kiu perdis sian vivon, estis lia patrino. Ege afliktita ĉe eltrovo de tiel doloriga eraro flanke de siaj kunuloj, Mírzá Muḥammad-Taqí malĝoje ekkriis: “Ni ne intencis ĝeni aŭ la virojn aŭ la virinojn de ĉi tiu vilaĝo. Nia sola celo estis bridi la perforton de la loĝantoj de Qádí-Kalá, kiuj estis mortigontaj nin ĉiujn.” Li pardonpetis fervore pro la kompatinda tragedio, kiun liaj kunuloj nekonscie okazigis.

Naẓar Khán, kiu dume kaŝis sin en sia domo, konvinkiĝis pri la sincereco de la bedaŭoj esprimitaj de Mírzá Muḥammad-Taqí. Kvankam li estis suferanta pro ĉi tiu doloriga perdo, tamen li sentis sin instigita viziti lin kaj inviti lin al sia hejmo. Li eĉ petis al Mírzá Muḥammad-Taqí, ke li enkonduku lin al Mullá ḥusayn, kaj esprimis egan deziron konatiĝi kun la instruoj de Afero, kiu povas ekbruligi tian fervoron en la brustoj de siaj aliĝintoj.

Je tagiĝo Mírzá Muḥammad-Taqí, akompanata de Naẓar Khán, alvenis al la sanktejo de Shaykh ṭabarsí, kaj trovis Mullá ḥusaynon kondukantan la kongregacian preĝon. Tia estis la ekstazo, kiu brilis sur lia vizaĝo, ke Naẓar Khán sentis nekontraŭstareblan impulson kuniĝi kun la adorantoj kaj ripeti la samajn preĝojn, kiuj estis aŭdiĝantaj el iliaj lipoj. Post la fino de tiu preĝo, oni informis Mullá ḥusaynon pri la perdo, kiun Naẓar Khán suferis. Li esprimis en plej kortuŝaj vortoj la kunsenton, kiun li kaj la tuta aro de liaj kundisĉiploj sentis por li en lia granda seniĝo. “Dio scias”, li certigis lin, “ke nia sola intenco estis protekti niajn vivojn, ne interrompi la trankvilon de la najbaraĵo.” Mullá ḥusayn tiam rakontis la cirkonstancojn, kiuj alkondukis al la atako, kiun la koĝantoj de Bárfurúsh direktis kontraŭ ili, kaj li klarigis la perfidan konduton de Khusraw. Li denove certigis lin pri la malĝojo, kiun la morto de lia patrino kaŭzis al li. „Ne afliktu vian koron,” Naẓar Khán spontanee respondis. “Ke estus donitaj al mi cent filoj, kiujn mi ĉiujn ĝoje metus ĉe viajn piedojn kaj oferus pro la ṣáḥibu’z-Zamán!” Li promesis, eĉ en tiu momento, sian senmortan lojalecon al Mullá ḥusayn, kaj rapidis reen al sia vilaĝo por reveni kun manĝaĵoj bezonataj de la anaro.

Mullá ḥusayn ordonis al siaj kunuloj, ke ili komencu la konstruadon de la projektita fortikaĵo. Al ĉiu aro li difinis parton de la laboro, kaj kuraĝigis ilin rapidigi ĝian plenumon. Dum ĉi tiu laboro ili estis senĉese atakataj de la loĝantoj de la apudaj vilaĝoj, kiuj, je la persistaj instigoj de la Sa’ídu’l-`Ulamá’, almarŝis kaj ĵetis sin sur ilin. Ĉiu atako de la malamikaro finiĝis sensukcese kaj senglore. Nedetimigitaj de la furiozo de iliaj oftaj atakoj, la kunuloj brave kontraŭstaris iliajn atakojn ĝis ili sukcesis subigi portempe la militistaron, kiu ĉirkaŭis ilin. Kiam la konstruada laboro estis plenumita, Mullá ḥusayn entreprenis la necesajn pretigojn por la sieĝo, kiun la fortikaĵo estis destinita suferi, kaj, malgraŭ la malhelpoj antaŭ li, provizis ĉion, kio ajn ŝajnis esti necesa por la sendanĝero de ĝiaj loĝantoj.

Apenaŭ finiĝis la laboro, kiam Shaykh Abú-Turáb alvenis kun novaĵo pri la alveno de Bahá’u’lláh al la vilaĝo de Naẓar Khán. Li informis Mullá ḥusaynon, ke li estis speciale ordonita de Bahá’u’lláh informi lin, ke ili ĉiuj estu Liaj gastoj tiun nokton, kaj ke Li mem kuniĝos kun ili en tiu sama posttagmezo. Mi aŭdis Mullá Mírzá Muḥammad-i-Furúghíon rakonti la jenon: „La novaĵo, kiun Shaykh Abú-Turáb alportis, ege ĝojigis la koron de Mullá ḥusayn. Li rapidis tuj al siaj kunuloj kaj ordonis ilin vigliĝi por la akcepto de Bahá’u’lláh. Li mem kune kun ili balais kaj akvoŝprucigis la alirejojn al la sanktejo, kaj persone atentis ĉion, kio estis necesa por la alveno de la amata Vizitanto. Tuj kiam li vidis Lin alproksimiĝantan kun Naẓar Khán, li alkuregis, ameme ĉirkaŭbrakis Lin, kaj kondukis Lin al la honorloko, kiun li rezervigis por Lia akcepto. Ni estis tro blindaj en tiuj tagoj ekkoni la gloron de Tiu, kiun nia ĉefo enkondukis inter nin kun tiaj respektego kaj amo. Tio, kion Mullá ḥusayn vidis, nia malklara vidpovo ankoraŭ ne povis ekkoni. Kun kia zorgemo li ricevis Lin en siajn brakon! Vidante Lin, li sentis ekstazan ĝojegon plenigi sian koron! Li tiel enprofundiĝis en admirado, ke li tute forgesis nin ĉiujn. Lia animo tiel enprofundiĝis en rigardado de tiu vizaĝo, ke ni, kiuj atendis lian permeson eksidi, devis stari lingtempe apud li. Estis Bahá’u’lláh mem, kiu fine ordonis al ni eksidi. Ni ankaŭ baldaŭ eksentis, tamen nesufiĉe, la ĉarmon de Lia eldirado, kvankam neniu el ni eĉ iomete sciis la senliman potencon kaŝitan en Liaj vortoj.

---

[345] 12. Oktobro, 1848 p.Kr.

Bahá'u'lláh inspektis la fortikaĵon dum tiu vizito kaj esprimis sian kontenton pri la plenumita laboro. En sia konversacio kun Mullá ḥusayn, Li klarigis detale tiujn aferojn, kiuj estis gravaj por la komforto kaj sekureco de liaj kunuloj. 'La sola afero, kiun ĉi tiu fortikaĵo bezonas', Li diris, 'estas la ĉeesto de Quddús. Lia kunesto kun ĉi tiu anaro igus ĝin kompleta kaj perfekta.' Li instrukciis al Mullá ḥusayn, ke li ekspedu Mullá Mihdíy-i-Khu'íon kun ses personoj al Sárí, kaj postulu al Mírzá Muḥammad-Taqí, ke li tuj transkonduku Quddúson al ili. 'Diotimo kaj timego pri Lia punado', Li certigis al Mullá ḥusayn, 'instigos lin cedi tuj sian kaptiton.'

Antaŭ ol Li foriris, Bahá'u'lláh konsilis al ili esti paciencaj kaj submetiĝi al la volo de la Plajpotenculo. 'Se plaĉos al Li,' Li aldiris, 'Ni denove vizitos vin en ĉi tiu loko, kaj helpos vin. Vi estas elektitaj de Dio kiel la antaŭgvardio de Lia armeo kaj la starigantoj de Lia Kredo. Lia armeo vere triumfos. Kio ajn okazos, triumfo estos al vi, triumfo plena kaj certa.' Per ĉi tiuj vortoj Li konfidis tiujn bravajn kunulojn al la prizorgo de Dio, kaj reiris al la vilaĝo kun Naẓar Khán kaj Shaykh Abú-Turáb. El tie Li foriris voje de Núr al ṭihrán."

Mullá ḥusayn tuj ekplenumis la instrukciojn, kiujn li ricevis. Alvokinte Mullá Mihdíon, li ordonis lin iri kune kun ses aliaj kunuloj al Sárí kaj peti, ke la Mujtahid liberigu sian malliberulon. Tuj kiam la komuniko estis transdonita al li, Mírzá Muḥammad-Taqí senkondiĉe konsentis al ilia peto. La potenco, per kiu tiu komuniko estis dotita, ŝajnis tuj malfortikigi lin. "Mi konsideris lin," li rapidis certigi la senditojn, "nur kiel estimatan gaston en mia domo. Estus maldece miaflanke preteksti, ke mi forsendis aŭ liberigis lin. Li estas libera fari tiel, kiel li deziras. Se li dezirus, mi volonte akompanus lin."

Mullá ḥusayn dume informis siajn kunulojn pri la alproksimiĝo de Quddús, kaj konsilis al ili montri al li tian respektegon, kian ili sentus sin instigitaj montri al Báb mem. "Rilate al mi", li aldiris, "vi devas konsideri min kiel lian humilan servanton. Vi devas senti al li tian lojalecon, ke eĉ se li ordonus al vi mortigi min, vi senhezite obeus. Se vi ŝanceliĝos aŭ hezitos, vi estos montrintaj vian mallojalecon al via Kredo. Ĝis kiam li alvokos vin al si, ĝis tiam vi nenial kuraĝu entrudi vin en lian ĉeeston. Vi devas vorlasi viajn dezirojn kaj firmdeni al liaj volo kaj plaĉo. Vi devas deteni vin de kisado aŭ de liaj manoj aŭ de liaj piedoj ĉar lia benita koro malŝatas tiajn signojn de respektega korinklino. Tia estu via konduto, ke mi fieru pri vi antaŭ li. La gloro kaj aŭtoritato, kiuj estas donacitaj al li, devas esti bone ekkonitaj de eĉ la plej malgranda el lliaj kunuloj. Kiu ajn forlasos la spiriton kaj literon de miaj admonoj, tiun certe kuratingos doloriga puno."

La ekarcerigo de Quddús en la hejmo de Mírzá Muḥammad-Taqí, la plej eminenta Mujtahid de Sárí, kies parenco li estis, daŭris kvin kaj naŭdek tagojn. Kvankam li estis malliberigita, tamen Quddús estis traktata kun ega respekto, kaj oni permesis al li akcepti preskaŭ ĉiujn kunulojn, kiuj ĉeestis la kunvenon de Badasht. Tamen, li permesis neniun resti en Sárí. Kiu ajn vizitis lin estis instigita en plej urĝaj vortoj varbiĝi sub la Nigran Standardon suprenlevitan de Mullá ḥusayn. Estis la sama standardo, pri kiu Mahometo, la Profeto de Dio, tiel parolis: "Se viaj okuloj vidos la Nograjn Standardojn elvenantajn el Khurásán, rapidu al ili, eĉ se vi devos rampi sur la neĝo, ĉar ili proklamas la alvenon de la promesita Mihdí[346] la Reprezentanto de Dio." Tiu standardo estis malfaldita ĉe ordono de Báb, en la nomo de Quddús, kaj per la manoj de Mullá ḥusayn. Ĝi estis alteportata la tutan vojon de la urbo Mashhad ĝis la sanktejo de Shaykh ṭabarsí. Dum dekunu monatoj, de la komenco de Sha'bán, en la jaro 1264 p.H.,[347] ĝis la fino de Jamádíy'th-Thání, en la jaro 1265 p.H.,[348] tiu surtera emblemo de netera regenco flirtis senĉese super la kapoj de tiu malgranda kaj brava anaro, alvokante la popolamason, kiu rigardadis ĝin, malkonfesi la mondon kaj alpreni la Aferon de Dio.

En Sárí, Quddús ofte provis konvinki Mírzá Muḥammad-Taqíon pri la vero de la Dia Revelacio. Li libere interparolis kun li pri la plej gravaj kaj elstaraj temoj rilate al la Revelacio de Báb. Liaj sentimaj kaj disputemaj rimarkigoj estis esprimitaj en tiel mildaj, tiel konvinkaj kaj ĝentilaj vortoj, kaj eldiritaj kun tiaj bonkoreco kaj humoro, ke tiuj, kiuj aŭdis lin, tute ne ofendiĝis. Ili eĉ malbone interpretis liajn aludojn al la sankta Libro kiel humorajn rimarkigojn por amuzi siajn aŭskultantojn. Mírzá Muḥammad-Taqí, malgraŭ la krueleco kaj malbonegeco kaŝitaj en li, kiujn li poste evidentigis per sia partianiĝo, kiam li insistis pri la ekstermo de la restaĵo de la defendintoj de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí, estis detenita de interna potenco montri eĉ plej malgrandan malrespekton al Quddús dum ĉi tiu estis malliberigata en lia domo. Li eĉ sentis sin instigita malebligi al la loĝantoj de Sárí ofendi Quddúson, kaj oni ofte aŭdis lin riproĉi ilin pro la malutilo, kiun ili deziris suferigi sur lin.

La novaĵo pri la okazonta alveno de Quddús vigligis la okupantojn de la fortikaĵo de ṭabarsí. Alpriksimiĝante al sia vojaĝocelo, li antaŭensendis senditon por anocni sian alproksimiĝon. La ĝojiga novaĵo donis al ili novajn kuraĝon kaj forton. Nesubpremeble ekentuziasmigita, Mullá ḥusayn ekstariĝis kaj, eskortata de ĉirkaŭ cent el siaj kunuloj, rapidis por renkonti la atendatan vizitonton. Li metis du kandelojn en ĉies manojn, mem ekbruligis ilin, kaj ordonis al ili iri renkonte al Quddús. La mallumo de la nokto estis dispelita de la brileco, kiun tiuj ĝojaj koroj radiis dum ili elmarŝis por renkonti sian amaton. Meze de la arbaro de Mázindarán, iliaj okuloj tuj ekkonis tiun vizaĝon, kiun ili sopiris rigardi. Ili amasiĝis avide ĉirakŭ lia ĉevalo, kaj kun ĉia signo de sindono ĵuris al li siajn amon kaj senmortan lojalecon. Ankoraŭ tenante en la manoj la bruligitajn kandelojn, ili sekvis lin piede al sia vojaĝocelo. Quddús, rajdante meze de ili, ŝajnis

[346] Vidu la Glosaron.

[347] 3. Julio – 1. Aŭgusto, 1848 p.Kr.

[348] 24. Aprilo – 23 Majo, 1849 p.Kr.

kiel suno, kiu brilas meze de siaj satelitoj. Dum la anaro malrapide iris al la fortikaĵo, eksonis himno de gloro kaj laŭdo unutone kantoparolata de la aro de liaj entuziasmaj admirantoj. “Sankta, sankta, la Sinjoro nia Dio, la Sinjoro de la anĝeloj kaj la spirito!” sonis iliaj ĝojegaj voĉoj ĉirkaŭ li. Mullá ḥusayn laŭtigis la ĝojan rekantaĵon, al kiu la tuta anaro respondis. La arbaro de Mázindarán reeĥis pro la sono de iliaj aklamadoj.

Tiamaniere ili atingis la sanktejon de Shaykh ṭabarsí. La unuaj vortoj, kiuj aŭdigis el la lipoj de Quddús post kiam li elseliĝis kaj apogis sin al la sanktejo, estas la jenaj: “La Baqíyyatu’lláh[349] estos plej bona por vi se vi estas kredantoj.”[350] Per ĉi tiu eldiro estis plenumita la antaŭdiro de Mahometo enskribita en la jena tradicio: “Kaj kiam la Mihdí[351] malkaŝiĝos, Li apogos sian dorson al la Ka’bah kaj alparolos la jenajn vortojn al la tricent kaj dektri dekvantoj ariĝintaj ĉirkaŭ Li: ‘La Baqíyyatu’lláh estos plej bona por vi se vi estas kredantoj.’” Per “Baqíyyatu’lláh” Quddús volis diri neniun alian, ol Bahá’u’lláh. Al ĉi tiu atestis Mullá Mírzá Muḥammad-i-Furúghí, kiu rakontis al mi la jenon: “Mi mem ĉeestis, kiam Quddús elseliĝis. Mi vidis lin apogi sin al la sanktejo kaj aŭdis lin eldiri tiujn samajn vortojn. Tuj kaima li parolis ilin, li aludis al Bahá’u’lláh kaj, turninte sin al Mullá ḥusayn, demandis pri Li. Oni informis lin, ke, krom se Dio dekretos alie, Li konigis sian intencon reveni al tiu ĉi loko antaŭ la unua de Muḥarram.[352]

Baldaŭ poste Quddús konfidis al Mullá ḥusayn aron da prediketoj, kiujn li petis lin laŭtlegi al siaj kuniĝintaj kunuloj. La unua prediketo, kiun li legis, estis dediĉita al Báb, la dua rilatis al Bahá’u’lláh, kaj la tria aludis al ṭáhirih. Ni kuraĝis esprimi al Mullá ḥusayn niajn dubojn, ĉu la aludoj en la dua prediketo estis alrilateblaj al Bahá’u’lláh, kiu ŝajnis esti nobelulo. La afero estis raportita al Quddús, kiu certigis nin, ke, se plaĉos al Dio, ĝia sekreto estos siatempe malkaŝita al ni. Tute nesciante en tiuj tagoj la karakteron de la Misio de Bahá’u’lláh, ni ne povis kompreni la signifon de tiuj aludoj, kaj vane konjektis, kio povus esti ilia kredebla signifo. En mia avido solvi la subtilecojn de la tradicioj rilatantaj al la promesita Qá’im, mi kelkafoje alproksimiĝis al Quddús kaj peti lin klarigi al mi tiun temon. Kvankam unue malinklina, tamen li fine konsentis al mia deziro. La maniero de lia respondo, liaj konvinkaj kaj komprenigaj klarigoj, emis pliigi la sentojn de solena timo kaj de respektego, kiujn lia ĉeesto inspiris Li dispelis ĉiujn dubojn, kiuj ajn ankoraŭ restis en niaj animoj, kaj tiaj estis la signoj de lia sagaco, ke ni ekkredis, ke estis donita al li povo legi niajn plej profundajn pensojn kaj trankviligi plej furiozan tumulton en niaj koroj.

Multajn noktojn mi vidis Mullá ḥusaynon ĉirakŭiri la sanktejon, interne de kies limoj Quddús estis dormanta. Kiel ofte mi vidis lin elveni el sia ĉambro en la noktomezaj horoj kaj silente direkti siajn paŝojn al tiu loko kaj flustri tiun saman verson, per kiu ni ĉiuj salutis la alvenon de la amata vizitanto! Kun kiaj sentoj de emocio mi enkoraŭ memoras lin dum li alproksimiĝis al mi, en la silento de tiuj mallumaj kaj solecaj horoj, kiujn mi dediĉis al meditado kaj preĝo, flustrantan en miajn orelojn la jenajn vortojn: ‘Elpelu el via animo, ho Mullá Mírzá Muḥammad, tiujn ĉi konfuzajn subtilecojn kaj, libera de iliaj katenoj, leviĝu kaj strebu kun mi trinkegi la pokalon de martireco. Tiam vi povos kompreni, kiam la jaro ‘80[353] tagiĝos sur la mondon, la sekretojn de tiuj aferoj, kiuj nun estas kaŝitaj de vi.’”

certiĝi pri la nombro de la kuniĝintaj kunuloj. Unuope li kalkulis ilin kaj enlasis ilin tra la pordon de la fortikaĵo: tricent kaj dektu entute. Li mem estis eniranta la fortikaĵon por konigi la rezulton al Quddús, kiam junulo, kiu piedrapidis la tutan vojon el Bárfurúsh, subite enkuregis kaj, ekprenante la borderon de lia vesto, petegis, ke li estu varbita inter la kunulojn kaj estu permesita fordoni la vivon laŭbezone sur la vojo de la Amato. Lia deziro estis volonte plenumita. Kiam Quddús estis informita pri la tuta nombro de la kunuloj, li rimarkigis: “Kion ajn la lango de la Profeto de Dio parolis rilate al la Promesito devos esti plenumita,[354] por ke per tio Lia atestado estu plena antaŭ tiuj teologoj, kiuj konsideras sin kiel la solajn klarigantojn de la leĝo kaj tradicioj de Islámo. Pere de ili la homoj ekkonos la veron kaj akceptos la plenumon de ĉi tiuj tradicioj.”[355]

---

349 Laŭlitere “Restaĵo de Dio.”

350 Korano, 11:85.

351 Vidu la Glosaron.

352 27. Novembro, 1848 p.Kr.

353 aludo al la jaro 1280 p.H. (1863-4 p.Kr.), en kiu Bahá’u’lláh deklaris sian Mision en Baǐľdád.

354 La kuniăo de tricent kaj dektri elektitaj subtenantoj de la Imám en Taliqanon en Ňľurásán estas unu el la signoj, kiuj devos proklami la alvenon de la promesita Qá’im. (“Historio de Persa Literaturo Moderna”, de E.G. Browne (1500-1924 p.Kr.) p. 399.)

355 Inter ili ankaů estis Riđá Ňľán, filo de Muḥammad Ňľán la Turkománo, őevalestro de Lia nun mortinta Moěto ěaho Muḥammad. Kaj li estis junulo sveltforma, belaspekta, dotita per őiaj talentoj kaj virtoj, digna, modera, milda, malavara, kuraăa, kaj vireca. Pro amo kaj servado al Lia Superega Sankteco li forlasis kaj sian postenon kaj sian salajron, kaj traktis kiel negravaj kaj rangon kaj nomon, famon kaj honton, riproőojn de amikoj kaj insultojn de malamikoj. Őe la unua paěo li postlasis dignon, riőaťon, postenon, kaj la tutan povon kaj estimon, kiujn li ăuis, elspezis grandajn monsumojn (almenaů kvar aů kvin mil túmánoj) pro la Afero, kaj senőese montris sian pretecon volonte morti. Unu el őí tiuj okazoj estis, kiam Lia Superega Sankteco alvenis en la vilaăon Ňľánliq proksime al ṭihrán, kaj, por pruvi la fidelon de siaj sekvantoj, diris: ‘Eő se estus nur malmultaj rajdistoj, kiuj liberigus Min el la katenoj de la malobeemuloj kaj iliaj ruzoj, ne estus neoportuni.’ Aůdinte tiujn őí vortojn, kelkaj lertaj ka spertaj rajdistoj, plene ekipitaj kaj armitaj, tuj pretiăis ekiri, kaj, malkonfesinte őiujn siajn havaťojn, rapide alrajdis al Lia Sankteco. Inter őí tiuj estis Mírzá Qurbán-`Alí de Astarábád, kaj Riđá Ňľán. Kiam ili alvenis antaů Lian Sanktecon, Li ridetis kaj diris, ‘La monto de Áďľirbáyján ankaů pretendas Min, kaj ordonis al ili reiri. Post sia reiro Rida Khan dediőis sin al servado al la amikoj de Dio, kaj lia domo estis ofte kunvenejo de la kredantoj, inter kiuj estis ambaů Jináb-i-Quddús kaj Jináb-i-Bábu’l-Báb, kiuj estis dum tempospaco liaj honoraj gastoj. Certe, li nek indulgis sin nek malsuperis en servado kompare al iu el őí tiu rondo, sed, malgraů sia alta posteno, strebis kore kaj anime antaůenigi la celojn de la servantoj de Dio. Kiam ekzemple Jináḇ-i-Quddús unue komencis prediki la doktrinon en Mázindarán, kaj la Sa’ídu’l-`Ulamá’, informiăinte pri tio, ageme klopodis malutili lin, Riđá Ňľán tuj iris al Mázindarán, kaj, kiam ajn Jináb-i-Quddús eliris el sia domo, li iradis piede antaů li kun elingigita glavo sur la ěultro, malgraů sia alta posteno kaj la respekto, al kiu li alkutimiăis; kion vidinte, la maliculoj timis permesi ion al si... Dum kelka tempo Riđá Ňľán restis tiamaniere en Mázindarán, ăis li akompanis Jináb-i-Quddúson al Mašľhad. Riveninte el tie, li őeestis la maltrankvilojn en Badašľt, kie li faris plej valorajn servojn, kaj estis konfidita pri la plej gravaj kaj subtilaj komisioj. Post kiam la

Ĉiun matenon kaj ĉiun posttagmezon dum tiuj tagoj, Quddús alvokis Mullá ḥusaynon kaj la plej eminentajn inter liaj kunuloj kaj petis ilin psalmokanti la verkojn de Báb. Sidante en la maydán, la libera placo apud la fortikaĵo, kaj ĉirkaŭita de siaj sindonaj amikoj, li aŭskultadis atente al la eldiroj de sia Majstro, kaj kekafoje oni aŭdis lin komenti pri ili. Nek la minacoj de la malamikaro nek la furiozo de iliaj intersekvaj atakoj povis inklinigi lin palpliigi la fervoron, aŭ interrompi la regulecon, de siaj preĝoj. Malestimante ĉian danĝeron kaj forgesema pri siaj propraj bezonoj kaj mankon, eĉ en plej afliktaj cirkonstancoj li daŭrigis sian ĉiutagan komunion kun sia Amato, verkis laŭdojn pri Li, kaj instigis al novaj penadoj la defendantojn de la fortikaĵo. Kvankam nekaŝita kontraŭ la kugloj, kiuj senĉese plubadis sur liajn sieĝatajn kunuloj, tamen nedetimigite de la furiozo de la atako, li daŭrigis siajn laborojn en stato de trankvila sereneco. “Mia animo estas alkroĉiĝinta al mencio de Vi!” li kutimis ekkrii. “Rememoro pri Vi estas la subteno kaj konsolo de mia vivo! Mi gloras pri tio, ke mi estis la unua, kiu suferis malhonore pro Vi en Shíráz. Mi sopiras esti la unua, kiu suferos sur Via vojo tian morton, kiu estos inda je Via Afero.”

Li ofte petis siajn irakajn kunulojn psalmokanti diversajn versojn el la Korano, al kiuj li aŭskultis kun ega atento, kaj ofte sentis sin instigita malkaŝi ilian signifon. Dum unu el siaj psalmokantoj ili trovis la jenan verson: “Per iom da timo kaj malsato, kaj perdo de reĉaĵoj kaj vivoj kaj fruktoj, Ni certe elpruvos vin; sed portu bonajn novaĵojn al la paciencaj.” “Ĉi tiuj vortoj,” Quddús rimarkigis, “estis unue revelaciitaj rilate al Ijob kaj la afliktoj, kiuj okazis al li. Tamen, en ĉi tiu tago ili rilatas al ni, kiuj estas destinitaj suferi tiujn samajn afliktojn. Tioma estos la grado de niaj afliktoj, ke neniu krom tiu, kiu estas dotita per konstanteco kaj pacienco, povos travivi ilin.”

La scio kaj sagaceco, kiujn Quddús evidentigis en tiuj okazoj, la memfidemo, kun kiu li parolis, kaj la rimedopleneco kaj la entreprenemo, kiujn li elmontris en la instrukcioj al siaj kunuloj, plifortigis lian aŭtoritaton kaj plialtigis lian prestiĝon. Ĉi tiuj unue supozis, ke la profunda respektego, kiun Mullá ḥusayn montris al li, estis kaŭzita de la urĝaĵoj de la situacio, pli vere ol instigita de spontanea sento de sindono al li. Liaj propraj verkoj kaj ĝenerala konduto iom post iom dispelis tiajn dubojn kaj emis ankoraŭ plifirmigi lin en la estimo de liaj kunuloj. En la tagoj de sia malliberiĝo en la urbeto Sárí, Quddús, kiun Mírzá Muḥammad-Taqí petis verki komentarion pri la Súrih de Ikhlas, pli bone konata kiel la Súrih de Qul Huva’llahu’l-Aḥad, en sia signifoklarigo nur pri la ṣád de ṣamad verkis traktaĵon, kiu estis trioble tiel ampleksa, kiel la Korano mem. Tiu kompleta kaj majstra klarigo profunde impresis Mírzá Muḥammad-Taqíon, kaj ĝi estis respondeca pri la ega estimo, kiun li montris al Quddús, kvankam fine li kuniĝis kun la Sa’ídu’l-`Ulamá en tio, ke li konspiradis la mortigon de la heroaj martiroj de Shaykh ṭabarsí. Sieĝate en tiu fortikaĵo, Quddús daŭris verki sian komentarion pri tiu Súrih, kaj malgraŭ la furiozo de la atako de la malamiko, povis skribi tiom da versoj, kiom li antaŭe skribis en Sárí en sia klarigo pri tiu sama letero. La rapideco kaj plenegeco de lia verkado, la netakseblaj trezoroj, kaiujn liaj verkoj maklkaŝis, mirigis liajn kunulojn kaj pravigis al ili lian ĉefecon. Ili legis avide la paĝojn de tiu komentario, kiujn Mullá ḥusayn alportis al ili ĉiutage, kaj kiujn ankaŭ li laŭdis.

La kompletigo de la fortikaĵo, kaj la provizo de ĉio, kion oni opiniis necesa por ĝia defendo, vivigis la entuziasmon de la kunuloj de Mullá ḥusayn kaj ekscitis la scivolemon de la loĝantoj de la ĉirkaŭaĵo.[356] Kelkaj nur pro scivolemo, aliaj celante al materia intereso, kaj ankoraŭ aliaj instigitaj de sia sindono al la Afero, kiun tiu konstruaĵo simboligis, strebis esti enlasitaj en ĝin kaj miregis pri la rapideco, kun kiu oni starigis ĝin. Tuj kiam Quddús konstatis la nombron de ĝiaj okupantoj, li ordonis, ke neniu vizitanto estu permesita eniri ĝin. La laŭdoj, per kiuj superŝutis la fortikaĵon tiuj, kiuj jam inspektis ĝin, estis transdiritaj de buŝo al buŝo ĝis ili atingis la orelojn de la Sa’ídu’l-`Ulamá kaj ekbruligis en lia brusto la flamon de senkompata ĵaluzo. Pro sia malamego al tiuj, kiuj respondecis pri ĝia starigo, li plej severe

---

kunveno en Badašľt estis disigita, li malsaniăis, kaj, kune kun Mírzá Sualyman-Qulí de Núr (filo de la mortinta Shatir-bashi, ankaů elstaranta pro siaj virteco, klereco, kaj sindono), venis al ṭihrán. La malsano de Riđá Ňľán daůris tempospacon, kaj őe lia resaniăo la sieăo de la kastelo de ṭabarsí jam iăis doloriga. Li tuj decidis iri por helpi al la garnizono. Tamen, pro tio, ke li estis persono elstaranta kaj bonkonata, li ne povis forlasi la őefurbon sen ia ěajne akceptinda kialo. Tial li pretekstis penti pri sia antaůa konduto, kaj li petegis, ke li estu sendita partopreni la militon en Mázindarán, tiel faronte repagon pro la pasintaŕoj. La reăo plenumis lian peton, kaj li estis elektita akompani la militistaron, kiu estis ironta sub komando de princo Mihdí-Qulí Mírzá kontraů la kastelo. Dum la marěo tien li důre diris al la princo, ‘Mi faros tion ői’, kaj ‘Mi faros jenon’; pro kio la princo ekhavis altajn esperojn pri li, kaj promesis al li postenon egalvaloran kun liaj servadoj, őar ăis la tago, kiam milito estis neevitebla kaj paco ne plu ebla, li estis őiam plej elstaranta en la armeo kaj plej agema en aranăado de ăiaj aferoj. Sed en la unua tago de milito li komencis galipigi sian őevalon kaj praktiki aliajn militajn ekzercojn, ăis kiam, ne ekscitinte suspekton, li tuj rapidigis ăin kaj efikis kuniăon kun la Fratoj de Őasteco. Alveninte inter ilin, li kisis la genuon de Jináb-i-Quddús kaj sterniăis antaů lin pro dankemeco. Tiam li denove reiris al la batalkampo kaj komencis insulti kaj malbeni la princon, dirante: ‘Kiu estas sufiőe vireca por piedpremi la pompon kaj riőecon de la mondo, liberigi sin el la katenoj de karna avideco, kaj kuniăi, kiel mi faris, kun la sanktuloj de Dio? Miaparte, mi estos kontenta pri mia kapo, nur kiam ăi falos makulita de polvo kaj sango sur tiun ői ebenaŕon.’ Tiam, kun eligigita glavo, li kuregis sur ilin kiel malsatega leono, kaj kondutis tiel virece, ka őiuj rojalistaj oficiroj miregis, dirante: ‘Tia kuraăo devas esti ŕusdonacita al li el la őielo, aů nova spirio estas enspirita en lin.’ Őar okazis pli ol unufoje, ke li glavmortigis kanoniston eő dum tiu estis pafanta, kaj tiel multaj el la őefaj oficiroj de la rojalista armeo mortfalis pere de lia mano, ke la princo kaj la aliaj komandoficiroj deziris venăi sin je li pli avide, ol je iu alia el la bábanoj. Tial, en la antaůvespero difinita por la cedo de Jináb-i-Quddús en la rojalista tendejo, Riđá Ňľán, sciante, ke pro la firioza malamo, kiun ili sentis al li, ili mortigos lin per la plej kruelaj trumentegoj, iris nokte al la loăejo de oficiro en la tendejo, kiu estis longedaůra kaj fidela amiko kaj kamarado. Post la masbuőado de la aliaj bábanoj, oni serőis Riđá Ňľánon, kaj fine oni eltrovis lin. La oficiro, kiu kaěis lin, proponis elaőeti lin por monsumo de dumil túmánoj kontante, sed oni refuzis lian proponon, kaj kvankam li proponis pligrandigi la monsumon, kaj strebis serioze savi sian amikon, tamen tute ne utilis, őar la princo, pro la ega malamo, kiun li sentis al Riđá Ňľán, ordonis, ke oni pechaku lin.” (La “Táriňľ-i-Jadíd”, pp.96-101.)

[356] “Laů la priskriboj, kiujn mi aůdis, la kastelo konstruita de Mullá ḥusayn ja fariăis sufiőe fortika konstruaŕo. La murego, kiu őirkaůis ăin, estis alta je c1irkaů dek metroj. Ăi estis el grandaj ětonoj, Sur tiun ői fundamenton oni starigis konstruaŕojn el grandegaj arbotrunkoj, meze de kiuj oni aranăis taůgan nombron da embarazuroj; poste oni őirkaůis la tuton per profunda remparfosaŕo. Őiel konsiderate, ăi estis ia granda turo, kies bazo estis el ětonoj kaj la supraj etaăoj el ligno, garnita de tri surmetitaj vicoj da embrazuroj, kaj kie oni povus meti tiom da tufang-chioj, kiom oni dezirus, aů pliăustadire, kiom oni havus. Oni traboris multajn pordojn kaj pordetojn, por ke oni pobu eniri kaj eliri facile; oni faris putojn, kaj oni havis multan akvon; oni fosis subterajn trairejojn por havigi al si kelkajn rifuălokojn okaze de malboněanco, oni starigis magazenojn, kiuj estis tuj provizitaj kaj plenigitaj de őiaj provizaŕoj aőetitaj aů eble boněance prenitaj el la őirkaůaj vilaăoj; fine, la garnizonon de la kastelo oni virprovizis per la plej energiaj bábanoj, la plej sindonaj, la plej fidindaj, kiujn oni povis disponigi.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.156.)

malpermesis, ke iu alproksimiĝu al ĝiaj limoj, kaj instigis al ĉiuj bojkoti la kunulojn de Mullá ḥusayn. Malgraŭ liaj severegaj ordonoj, troviĝis kelkaj, kiuj ignoris liajn dezirojn kaj ĉielpove helpis tiujn, kiujn li tiel senmerite persekutis. La afliktoj, al kiuj ĉi tiuj suferantoj estis subigitaj, estis tiaj, ke kelkafoje ili travivis afliktan mankon de la plej simplaj vivbezonoj. Tamen ofte en ilia malluma horo de amlbonsorto subite ekbrilis sur ilin la lumo de Dia liberigo malfermanta antaŭ ili la pordon de neatendita sendolorigo.

La antaŭvideca maniero, laŭ kiu la okupantoj de la fortikaĵo estis liberigitaj el la aflikto, kiu ŝarĝigis ilin. Furiozigis la koleron de la obstina kaj tiraneca Sa'ídu'l-`Ulamá'. Instigita de nepacigebla maamo, li skribis ardan alpeton al ŝaho Naṣíri'd-Dín, kiu antaŭnelonge surtroniĝis, kaj longe priparolis la danĝeron, per kiu estis minacata lia dinastio, eĉ la monarklando mem. "La standardo de ribelo", li skribis, "estas suprenlevita de la malestiminda sekto de la babanoj. Ĉi tiu araĉo da nerespondecaj agitistoj kuraĝis frapi eĉ la fundamentojn de la aŭtoritato de Via Imeriestra Moŝto. La loĝantoj de pluraj vilaĝoj proksime al ilia ĉefsidejo jam rapidis al ilia standardo kaj ĵuris lojalecon al ilia afero. Ili konstruis por si fortikaĵon, kaj en tiu masiva fortikaĵo ili ĉirkaŭfosis sin, pretaj direkti militiron kontraŭ vi. Kun neflankiĝanta obstino ili decidis proklami sian ssendependan suverenecon, suvereneco, kiu tute malaltigos la imperian diademon de viaj eminentaj praavoj. Vi staras ĉe la sojlo de via regado. Kiu triumfo pli granda povus famigi la inaŭguron de via regado, ol ekstermi tiun ĉi malamindan kredon, kiu kuraĝis konspiri kontraŭ vi? Tio emos starigi Vian Moŝton en la fidon de via popolo. Tio plialtigos vian prestiĝon kaj havigos al via krono senmortan gloron. Se vi ŝanceliĝos en via administrado, se vi montros al ili eĉ malplejan indulgon, mi sentas, ke estas mia devo averti vin, ke rapide alproksimiĝas la tago, kiam ne nr la provinco Mázindarán, sed la tuta Persujo, de unu limo ĝis la alia, estos malkonfesinta vian aŭtoritaton kaj estos kaitulinta al ilia afero."

Náṣiri'd-Dínankoraŭ sensperta en ŝtataj aferoj, transdonis la aferon al la oficiroj, kiuj komandis la armeon de Mázindarán, kaj kiuj estis deĵorantaj ĉe li.[357] Li instruis al ili tiel klopodi, kiel ŝajnas al ili konvene por elradikigi la maltrankviligantojn de lia regno. ḥájí Muṣṭafá Khan-i-Turkman antaŭmetis siajn opiniojn antaŭ sian suverenon: "Mi mem venis el Mázindarán. Mi povis taksi la militistaron je ilia dispono. La plenmano da senspertaj kaj malfortaj studentoj, kiujn mi vidis, estas tute senpovaj kontraŭstari la militistaron, kiun Via Moŝto povas estri. Laŭ mi, la armeo, kiun vi projektas ekspedi, ne estas necesa. Malgranda taĉmento de tiu armeo sufiĉos por ekstermi ilin. Ili tute malindas la zorgon kaj pripansadon de mia suvereno. Se Via Moŝto volus konigi vian deziron pere de imperiestra komuniko al mia frato `Abdu'lláh Khán-i-Turkamán, ke li estu aŭtoritatigita venki tiun anaron, mi konvinkiĝas, ke en la daŭro de du tagoj li subigos ilian ribelon kaj frakasos iliajn esperojn."

La ŝaho konsentis, kaj eldonis sian farmán[358] al tiu sama `Abdu'lláh Khán ordonante lin varbi senprokraste el iu parto de lia regno la militistaron, kiun li bezonos por la plenumo de sia celo. Li sendis kun sia komuniko reĝan insignon, kiun li donacis al li kiel signon de fido je lia kapablo entrepreni tiun taskon. La ricevo de la imperiestra farmán kaj la signo de la honoro, kiun lia suvereno donacis al li, fortikigis lin al nova decido konvene plenumi sian mision. En la daŭro de mallonga tempo li kunigis armeon de ĉirkaŭ dekdu mil soldatoj precipe el la komunumoj de Usanlú, Afghán, kaj Kúdár.[359] Li ekipis ilin per ĉia beyonata municio kaj postenigis ilin en la vilaĝon Afrá, kiu estis posedaĵo de Naẓar Khán, kaj kiu superrigardis la fortikaĵon de ṭabarsí. Tuj kiam li starigis sian tendejon sur tiun altaĵon, li ekhaltigis la panon, kiun oni portis ĉiutage al la kunuloj de Mullá ḥusayn. Eĉ akvo estis baldaŭ malpermesota al ili, ĉar fariĝis neeble al la sieĝatoj forlasi la fortikaĵon sub pafado de la malamiko.

La armeo estis ordonita starigi barikadaron antaŭ la fortikaĵo kaj ekpafi sur ĉiun, kiu okaze eliris tra ĝia pordo. Quddús malpermesis al siaj kunuloj eliri por alporti akvon el la ĉirkaŭaĵo. "Nia pano estas haltigita de nia malamiko", plendis Rasúl-i-Bahnimírí. "Kio okazus al ni se akvo ankaŭ estus malpermesita al ni?" Quddús, kiu en tiu horo, je sunsubiro, estis rigardanta la armeon de la malamiko kune kun Mullá ḥusayn de sur la teraso de la fortikaĵo, turnis sin al li kaj diris: "Malsufiĉeco de akvo afliktis niajn kunulojn. Se plaĉos al Dio, eĉ en ĉi tiu nokto plubego atingos niajn kontraŭulojn, kaj ĝin sekvos grandega neĝo, kiu helpos nin repuŝi ilian projektitan atakon."

Eĉ en tiu nokto la armeon de `Abdu'lláh Khán surprizatingis torenta pluvo, kiu superverŝis tiun parton kuŝantan proksime al la fortikaĵo. Multe el la nunicio estis neretroveble ruinigita. Kolktiĝis interne de la muroj de la fortikaĵo tiom da akvo, kiu dum longa periodo sufiĉis por la konsumado de la sieĝatoj. Dum la sekvinta nokto tia neĝo, kiun la loĝantoj de al ĉirkaŭaĵo eĉ en la vintromezo neniam travivis, sufiĉe aldonis al la ĉargreno kaŭzita de la plubo. En la

---

357 Tiamaniere, sopiregante bonan ordon, la Amír-Niýám rapide pripensis la aferojn de Mázindarán, kaj kiam la altranguloj de ői tiu provinco, kiuj estis venintaj al ṭihrán por peni favorigi sin al la reão, estis forirontaj, oni ordonis al ili klopodi, por ke la ribelo de la bábanoj ne daůru plu. Ili promesis fari sian eblon.

Efektive tuj post sia reveno ői tiuj őefoj kunligiăis kaj interkonsentiăis. Őiu skribis al siaj parencoj, por ke ili venu kaj kuniău kun li. ḥájí Muṣṭafá Ňľán venigis sian fraton `Abdu'lláh. `Abbás-Qulí Ňľán-i-Laríjaní alvokis Muhammad-sulṭánon kaj `Alí Ňľánon de Savád-Kúh. Őiuj tiuj induloj kun siaj anaroj decidis ataki la bábanojn en ilia kastelo, antaů ol ői tiuj mem ekpensus ataki. La reăaj oficiroj, vidante la őefojn de la lando en tiel kompleza humoro, siaflanke kunigis grandan kunsidon, kien volonte rapidiris la ŕusnomitaj sinjoroj, poste Mírzá Áqá, Mustawfí de Mázindarán aů financa kontrolisto, la őefo de la ulemoj, kaj multaj aliaj tre estimataj altranguloj." (Ibid. pp.160-61.)

358 Vidu la Glosaron.

359 "Siaflanke, la finaca kontrolisto kolektis soldataron el la Afřľánoj loăantaj en Sárí kaj aligis al ili kelkajn soldatojn el turkaj triboj lokitaj sub lia administrado. `Alí-Ábád, la vilaăo tiel severe punita de la bábanoj, kaj kiu aspiris venăon, provizis tiom, kiom ăi povis, kaj plifortiăis per anaro el Qáđí, kiu pro najbareco volonte varbiăis." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.161.)

sekvinta nokto, kiu estis la vespero antaŭ la kvina de Muḥarram, en la jaro 1265 p.H.,[360] Quddús decidis eliri tra la pordo de la fortikaĵo. "Laŭdo estu al Dio," li rimarkigis al Rasúl-i-Bahnimírí dum li trapaŝis trankvile kaj serene la alirejon al la pordo, "kiu afable respondis al nia preĝo kaj igis, ke pluvu kaj neĝu sur niajn malamikojn; afero, kiu portis ruinigon en ilian tendejon kaj refreŝigon en nian fortikaĵon."

Dum alproksimigis la horo de la atako, por kiu tiu grandnombra armeo estis ageme pretiganta, malgrau la perdoj, kiujn gi suferis, Quddús decidis ekeliri kaj disigi gian militistaron. Du horojn post sunlevigo li surseligis kaj, eskortata de Mullá ḥusayn kaj tri aliaj el siaj kunuloj, kiuj estis ciuj rajdantaj apud li, elmarsis per la pordo, piedsekvata de la tuta anaro. Tuj kiam ili elvenis, eksonis la krio "Yá ṣáḥibu'z-Zamán!"[361] – krio, kiu dissemis konsternon tra la tendejo de la malamikaro. La kriego, kiun tiuj leonkoraj sekvantoj de Báb laŭtigis meze de la arbaro de Mázindarán, disigis la ektimigitan malamikaron, kiu embuskis interne de ĝiaj kavaĵoj. La ekbrilo de iliaj elingigitaj armiloj konfuzis ilian vidpovon, kaj ĝia minaco sufiĉis por konsternigi kaj subigi ilin. Ili forkuris en hontinda malvenko de antaŭ ilia atako, postlasante ĉiujn posedaĵojn. Antaŭ forpuso de kvardek kvin minutoj la triumfokrio estis laŭtigita. Quddús kaj Mullá ḥusayn sukcesis venki la restaĵojn de la venkita armeo. `Abdu'lláh Khán-i-Turkamán, kun du el siaj oficiroj, ḥabíbu'lláh Khán-i-Afghán kaj Núru'lláh Khán-i-Afghán, mortis kune kun ne malpli, ol kvarcent kaj tridek el siaj soldatoj.

Quddús reiris al la fortikaĵo dum Mullá ḥusayn ankoraŭ okupiĝis en daŭrigado de la laboro, kiu estis tiel brave plenumita. La voĉo de Siyyid `Abdu'l-`Aẓím-i-Khu'í baldaŭ aŭdiĝis vokanta lin. Ĉe ordono de Quddús, reveni tuj al la fortikaĵo. "Ni repuŝis la atakantojn," Quddús rimarkigis; "ne necesas, ke ni pliantaŭenigu la punon. Nia celo estas protekti nin, por ke ni povu daŭrigi nian laboron por regenerado de la homaro. Ni tute ne intencas okazigi nenecesan malutilon al iu. Tio, kion ni jam plenumis, sufiĉe atestas pri la nevenkebla potenco de Dio. Ni, areto de Liaj sekvantoj, pere de Lia subtena favoro povis venki la organizitan kaj spertan armeon de niaj malamikoj."

Spite de ĉi tiu venko, eĉ ne unu el la sekvantoj de Báb perdis sian vivon dum tiu bataleto. Forte vundiĝis neniu krom viro nomita Qulí, kiu rajdis antaŭ Quddús. Ili estis ĉiuj ordonitaj, ke ili prenu neniom el la propraĵoj de siaj kontarŭuloj krom iliaj glavoj kaj ĉevaloj.

Pro tio, ke evidentiĝis signoj de la rekunigo de la militistaro ordonita de Abdulla Khán, Quddús ordonis al siaj kunuloj fosi ĉirkaŭfosaĵon ĉirkaŭ la fortikaĵo kiel protektilon kontraŭ nova atako. Deknaŭ tagoj pasis, dum kiuj ili pleje penadis plenumi la taskon al ili ordonitan. Ili ĝoje laboris tage kaj nokte por rapidigi la laboron konfiditan al ili.

Baldaŭ post kiam la laboro estis plenumita, oni anoncis, ke princo Mihdí-Qulí Mírzá[362] estas alproksimiĝanta al la fortikaĵo antaŭ grandnombra armeo kaj efektive starigis tendaron en Shír-Gáh. Kelkajn tagojn poste li translokigis sian ĉefsidejon al Vás-Kas. Ĉe sia alveno li sendis unu el siaj soldatoj por informi al Mullá ḥusayn, ke la ŝaho ordonis lin konstati la celon de liaj agadoj kaj peti, ke li klarigu sian celon al li. "Diru al via majstro," Mullá ḥusayn respondis, "ke ni tute malpretendas intencon aŭ detrui la fundamentojn de la monarklando aŭ uzurpi la aŭtoritaton de ŝaho Náṣiri'd-Dín. Nia Afero rilatas al la revelacio de la promesita Qá'im kaj ĉefe koncernas la interesojn de la eklezia ordo de ĉi tiu lando. Ni povas prezenti nedisputeblajn argumentojn kaj dedukti neeraremajn pruvojn por subteno de la vero de la Revelacio, kiun ni portas." La arda sincereco, kun kiu Mullá ḥusayn petegis defende de sia Afero, kaj la detaloj, kiujn li citis por montri la validecon de siaj pretendoj, kortuŝis la senditon kaj larmplenigis liajn okulojn. "Kion ni faru?" li ekkriis. "La princo," Mullá ḥusayn respondis, "ordonu al la ulemoj de Sárí kaj Bárfurúsh, ke ili kuniru al ĉi tiu loko kaj petu, ke ni montru la validecon de la Revelacio proklamita de Báb. La Korano decidu, kiu parolas la veron. La princo mem juĝu nian aferon kaj anoncu la verdikton. Li ankaŭ decidu, kiel trakti nin se ni malsukcesos starigi, per la helpo de versoj kaj tradicioj, la veron de ĉi tiu Afero." La sendito esprimis sian plenan kontenton pri la respondo, kiun li ricevis, kaj promesis, ke antaŭ ol pasos tri tagoj la eklezioj altranguloj estos kunigitaj laŭ la maniero, kiun li sugestis.

La promeso de la sendito estis destinita resti neplenumita. Tri tagojn poste princo Mihdí-Qulí Mírzá pretiĝis ekataki, je skalo ĝis nun senekzempla, la okupantojn de la fortikaĵo. Estrante tri regimentojn da infanterio kaj kelkajn regimentojn da kavalerio, li loĝigis sian armeon sur altaĵo, kiu superrigardis tiun lokon, kaj signalis pafadi en tiun direkton.

Ankoraŭ ne tagiĝis, kiam ĉe la signalo, "Surseliĝu, ho herooj de Dio!" Quddús ordonis, ke la pordoj de la fortikaĵo estu remalfermitaj. Mullá ḥusayn kaj ducent kaj du el liaj kunuloj kuris al siaj ĉevaloj kaj sekvis Quddúson dum li elrajdis al Vás-Kas. Nedetimigitaj de la grandega militistaro envicigita kontraŭ ili, kaj nemalkuraĝigitaj de la neĝo kaj koto, kiuj amasiĝis sur la vojoj, ili daŭre iris tra la mallumo al la fortikaĵo, kiu servis kiel bazo por la laboroj de la malamiko.

[360] 1. Decembro, 1848 p.Kr.

[361] Vidu la Glosaron.

[362] "La Amír-Niýám ege kolerigis, kiam li eklernis, kio ŕus okazis. Li indignis pro la teruroj, kiujn oni priskribis al li. Pro tio, ke li estis tro malproksime de la batalloko, por ke li povu bone taksi la krudan entuziasmon de la ribelantoj, lia sola decido estis, ke li devas mortigi ilin antaů ol ilia energio ankoraů pliardiău pro tro realaj sukcesoj. Princo Mihdí-Qulí Mírzá, elektita reăa vicestro de la miacitaj provincoj, foriris kun ekstraj regadpovoj. Oni ordonis starigi liston de tiuj, kiuj mortis dum la batalo antaů la kastelo de la babanoj kaj dum la elrabado de Ferra, kaj oni promesis pensiojn al la postvivantoj. ḥájí Muṣṭafá Ňl'án, frato de `Abdu'lláh, ricevis daůrajn signojn de la reăa favoro; fine, oni faris őion eblan por restarigi la kuraăon de la mahometanoj kaj redoni al ili iom da memfido." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.163-4.)

La princo, kiu estis observanta la movadojn de Mullá ḥusayn, vidis lin alproksimiĝantan el lia fortikaĵo, kaj ordonis al siaj soldatoj, ke ili ekpafu sur lin. Iliaj kugloj estis senpovaj haltigi lian alproksimiĝon. Li devigis vojon tra la pordon kaj kuregis en la privatan apartamenton de la princo, kiu, eksentante, ke lia vivo estas endanĝerigita, ĵetis sin el malantaŭa fenestro en la ĉirkaŭfosaĵon kaj forkuris nudpiede.[363] Lia armeo, senigita je sia ĉefo kaj panikfrapita, forkuris en hontinda malvenko de antaŭ tiu areto, kiun, spite de siaj propraj grandegaj nombroj kaj la rimedoj, kiujn la imperiestra kaso disponigis al ili, ili estis senpovaj venki.[364]

Dum la venkintoj estis perfortantaj sian vojon tra tiu parto de la fortikaĵo rezervigita por la princo, du aliaj reĝaj princoj[365] mortis dum ili provis faligi siajn kontraŭulojn. Enirinte lian apartamenton, ili eltrovis en unu el liaj ĉambroj kofrojn plenaj de oro kaj arĝento, kion ili entute rifuzis tuŝi. Kun escepto de poto da polvo kaj la preferata glavo de la princo, kiun ili portis al Mullá ḥusayn kiel signon de sia triumfo, liaj kunuloj ignoris la multekostan loĝaranĝon, kiun ĝia posedanto forlasis en sia malespero. Kiam ili portis ĝin al Mullá ḥusayn, ili eltrovis, ke, kiel rezulto de la kuglo, kiu trafis lian propran glavon, li interŝanĝis ĝin por tiu de Quddús, per kiu li okupiĝis repuŝi la atakanton.

Ili estis ekmalfermantaj la pordon de la malliberejo de la malamiko, kiam ili aŭdis la voĉon de Mullá Yúsúf-i-Ardibílí, kiu estis kaptita survoje al la fortikaĵo kaj estis sufervelkanta inter la malliberuloj. Li propetis pro siaj kunsuferantoj kaj sukcesis okazigi ilian tujan liberigon.

En la mateno de tiu mamorinda batalo, Mullá ḥusayn kunigis siajn kunulojn ĉirkaŭ Quddús en la ĉirkaŭaĵo de Vás-Kas, dum li mem restis surĉevale atendante novan atakon de la malamiko. Li estis observanta iliajn movojn, kiam li subite vidis sennombran armeon kuregantan al li el ambaŭ flankoj. Ĉiuj ekstariĝis kaj, laŭtigante denove la krion "Yá ṣáḥibu'z-Zamán!" rapidis kontraŭi la batalinviton. Mullá ḥusayn instigis sian ĉevalon en unu direkton, kaj Quddús kaj liaj kunuloj rajdis en alian direkton. La taĉmento, kiu estis atakanta Mullá ḥusaynon, subite deturniĝis kaj, forkurante de antaŭ li, kuniĝis kun la cetero de la malamikaro kaj ĉirkaŭis Quddúson kaj tiujn, kiuj estis kun li. En definita momento ili pafis mil kuglojn, unu el kiuj trafis Quddúson en la buŝon, eligis kelkajn el liaj dentoj vundante kaj lian langon kaj lian gorĝon. La bruego kaŭzita de la samtempa pafado de mil kugloj, kiun oni povis aŭdi ĉe distanco de dek farsangoj,[366] antaŭtimigis Mullá ḥusaynon, kiu rapidis savi siajn amikojn. Tuj kiam li atingis ilin, li elseliĝis kaj, konfidinte sian ĉevalon al sia deĵoranto, Qambar-`Alí, kuris al Quddús. La ekvido de sango guteganta el la buŝo de sia amata ĉefo ektimigis kaj ekkonsternis lin. Li levis la manojn pro terurego kaj estis tuj batonta sian kapon, kiam Quddús ordonis al li, ke li ĉesu. Tuj obeante sian ĉefon, li petegis lian permeson ricebi lian glavon de li, kaj tuj kiam ĝi estis transdonita, li elingigis kaj uzis ĝin por disigi la militistaron, kiu amasiĝis ĉirkaŭ li. Sekvata de cent kaj dek el siaj kundisĉiploj, li kontraŭstaris la militistaron envicigitan kontraŭ li. Per unu mano uzante la glavon de sia amata ĉefo kaj per la alia tiun de sia venkita kontraŭulo, li batalis kontraŭ ili furiozan batalon, kaj en la daŭro de tridek minutoj, dum kiu li montris mirindan heroecon, li sukcesis forpeli la tutan armenon.

La hontinda retiriĝo de la armeo de princo Mihdí-Qulí Mírzá ebligis al Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj iri al la fortikaĵo, kun doloro kaj bedaŭro ili kondukis sian vinditan ĉefon al la rifuĝejo de lai fortikaĵo. Ĉe sia alveno Quddús skribis alpeton al siaj amikoj, kiuj estis priplorantaj lian vundon, kaj per vortoj de kuraĝigo kvietigis ilian malĝojon. "Ni devas submetiĝi", li kuraĝigis ilin, "al tio, kio ajn estas la volo de Dio. Ni devas esti firmaj kaj konstantaj en la horo de sufero. La ŝtono de la senkredulo rompis la dentojn de la Profeto de Dio; la miaj falis rezulte de la kuglo de la malamiko. Kvankam mia korpo estas afliktita, tamen mia animo estas enprofundiĝinta en ĝojo. Mia dankemeco al Dio estas senlima. Se vi amas min, ne lasu, ke ĉi tiu ĝojo estu malheligita pro ekvido de via lamentado."

Muḥarram 1265 p.H.[367] Komence de tiu sama monato, Bahá'u'lláh, fidela al la promeso, kiun Li faris al Mullá ḥusayn, foriris el Núr al la fortikaĵo de ṭabarsí, akompanata de aro de siaj amikoj. Inter tiuj, kiuj akompanis Lin, estis ḥájí Mírzá

---

[363] "Ni lasis Mihdí-Qulí Mírzáon forkurantan el sia bruleganta domo kaj vagantan solan en la kamparo tra la neăo kaj la mallumo. Je tagiăo li trovis sin en nekonata intermonto, perdita en terurega loko, sed efektive tre proksime al la buőadloko. La vento alportis al liaj oreloj la bruon de la muskedoj.
En ői tiu malfeliőa stato kaj preskaů senespera, li estis trovita de Mázindaránano, kiu, preterrajdante lin sur sufiőe bona őevalo, rekonis lin. Ői tiu viro elseliăis, surseligis la princon en sian lokon, kaj proponis servi kiel gvidanto. Li kondukis lin al domo de kamparano, en kies stalon li instalis lin; ői tio ne estas amlestimata restadejo en Persujo. Dum la princo manăis kaj ripozis, la Mázindaránano denove surseliăis, kaj, trakurante la regionon, sciigis al őiuj soldatoj la feliőan novaŕon, ke la princo estas sana kaj sendanăera. Tiamaniere, aron post aro, li kondukis al li őiujn liajn soldatojn, aů almenaů respektindan amaseton de ili.
Se Mihdí-Qulí Mírzá estus estinta unu el tiuj altfieruloj, kiujn malsukcesetoj ne malkuraăigas, li eble stus taksinta sian situacion nur iomete ĕanăita de la malbonĕanco de la antaůa nokto; li estus konsiderinta la aferon kiel rezultaton de ruzo, kaj, kun la militistaro restanta, li estus peninta montri bonan ĕajnon kaj ne estus cedinta, őar efektive, la babanoj retiriăis, kaj oni nenie vidis ilin plu. Sed la Šľáhzádih tute ne posedanta tian firmecon, estis malforta karaktero, kaj, kiam li vidis sin tiel bone gardata, li rapide forlasis la stalon kaj iris al la vilaăo Qádí-Kalá, el kie li rapidegis al Sárí. Tiu ői konduto efektive ankoraů pliigis en la tuta provinco la impreson kaůzitan de la unua novaŕo pri la surprizatako en Vás-Kas. Őie oni perdis la prudenton. Liberaj urboj opiniis sin endanăerigitaj al őiuj danăeroj, kaj malgraů la severeco de la sezono, oni vidis karavanojn de nebatalantoj afliktegitaj, kiuj estis kondukantaj kun si siajn edzinojn kaj infanojn en la dezerton de Damavand por kaĕi ilin de la neevitablaj danăeroj, kiujn ĕajne sciigis al őiuj la singarda konduto de la Šľáhzádih. Kiam la azianoj perdas la prudenton, ili perdas ăin entute." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.169-70.)

[364] "Post kelkaj momentoj lia armeo, jam en tiel ega konfuzo, estis dispelita de la tricent viroj de Mullá ḥusayn. Őu ői tio ne estis la glavo de la Eternulo kaj de Gideon?" (Ibid. p.167.)

[365] Laů Gobineau (p.167), ili estis sulṭán ḥusayn Mírzá, filo de ĕaho Fatḥ-`Alí, kaj Dáwúd Mírzá, filo de Zillu's-Sultán, onklo de la ĕaho. A.L.M. Nicolas, en sia "Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb" (p.308), ankaů aldonas Mustawfí Mírzá `Abdu'l-Báqíon.

[366] Vidu la Glosaron.

[367] 21. Decembro 1848 p.Kr.

Jáníy-i-Káshání, Mullá Báqir-i-Tabrízí, unu el la Literoj de la Vivanto, kaj Mírzá Yaḥyá, Lia frato. Bahá’u’lláh konigis sian deziron, ke ili iru rekte al sia vojaĝocelo kaj ne permesu ian interrompon dum la vojaĝo. Lia intenco estis atingi tiun lokon en la nokto, ĉar de la tempo, kiam `Abdu’lláh Khán estis ekkomandinta, oni severe ordonis, ke neniel oni donu helpon al la okupantoj de la fortikaĵo. Oni starigis gardistojn diversloken por certigi la izolon de la sieĝatoj. Tamen, Liaj kunuloj, instigis Lin interrompi la vojaĝon kaj pasigi kelkajn horojn en ropozo. Kvankam Li sciis, ke ĉi tiu prokrasto alportos seriozan riskon de ruzo de la malamiko, tamen Li cedis al ilia serioza peto. Ili haltis ĉe soleca domo apud la vojo. Post la verspermanĝo Liaj kunuloj ĉiuj retiriĝis por dormi. Li sola, malgraŭ la malfacilaĵoj, kiujn Li travivis, restis maldormema. Li bone sciis la danĝerojn, al kiuj Li kaj Liaj amikoj estis endanĝerigitaj, kaj tute sciis la eblecojn, kiujn antaŭsignis Lia frua alveno al la fortikaĵo.

Dum Li maldormis apud ili, la sekretaj senditoj de la malamiko informis la gardistojn pri la alveno de al anaro, kaj ordonis tujan akkapton de ĉio trovebla ĉe ili. “Ni ricevis severajn ordonojn”, ili diris al Bahá’u’lláh, kiun ili tuj ekkonis kiel la ĉefon de la grupo, “aresti ĉiun, kiun ni renkontos en ĉi tiu regiono, kaj konduki lin sen ia ajn antaŭa esploro al Ámul, kaj transkonduki lin al ĝia guberniestro.” “La afero estas false prezentita al vi”, Bahá’u’lláh rimarkigis. “Vi malbone interpretis nian celon. Mi konsilus al vi agi laŭ maniero, kiu kaŭzus al vi fine nenian bedaŭron.” Ĉi tiu admono, eldirita digne kaj trankvile, inklinigis la ĉefon trakti estime kaj ĝentile tiujn, kiujn li arestis. Li rodonis al ili surseliĝi kaj iri kun li al Ámul. Dum ili estis alproksimiĝantaj riverbordon, Bahá’u’lláh signalis al siaj kunuloj, kiuj estis rajdantaj ĉe distanco de la gardistoj, ke ili ĵetu en la akvon ĉiujn manuskriptojn, kiujn ili havas kun si.

Tagiĝe, dum ili estis alproksimiĝantaj al la urbo, oni antaŭsendis komunikon al la vicguberniestro sciigantan al li la alvenon de aro kaptita survoje al la fortikaĵo de ṭabarsí. La guberniestro mem, kune kun la anoj de lia korpogardistaro, estis elektita kuniĝi kun la armeo de princo Mihdí-Qulí Mírzá, kaj li komisiis lian parencon, ke li estru dum lia foresto. Tuj kiam la komuniko atingis lin, li iris al la masjid de Ámul kaj alvokis la ulemojn kaj ĉefajn Siyyidojn de la urbeto kuniĝi kaj renkonti la anaron. Li miregis, tuj kiam liaj okuloj vidis kaj rekonis Bahá’u’lláhon, kaj profunde bedaŭris siajn ordonojn. Li pretekstis riproĉi Lin pro Liaj klopodoj, esperante kvietigi la tumulton kaj trankviligi la eksciton de tiuj, kiuj kuniĝis en la masjidon. “Ni estas senkulpaj”, Bahá’u’lláh deklaris, “pri la kulpo, kiun ili imputas al ni. Nia senkulpeco estos fine pruvita al vi. Mi konsilus al vi agi laŭ maniero, kiu kaŭzus al vi fine nenian bedaŭron.” La vicguberniestro petis la ĉeestantajn ulemojn fari ian ajn demandon, kiun ili deziras. Al iliaj demandoj Bahá’u’lláh respondis klare kaj konvinke. Dum ili estis pridemandantaj Lin, ili eltrovis manuskripton posedantan de unu el Liaj kunuloj, kiun ili ekkonis kiel verkon de Báb, kaj kiun ili transdonis al la ĉefo de la ulemoj ĉeestantaj tiun kunsidon. Tuj kiam li tralegis kelkajn liniojn de tiu manuskripto, li lasis ĝin kaj, turninte sin al tiuj ĉirkaŭ li, ekkriis: “Ĉi tiuj homoj, kiuj antaŭenigas tiel troajn pretendojn, eĉ en ĉi tiu frazo, kiun mi legis, evidentigis sian nescion pri la plej elementaj reguloj de ortografio.” “Estimata kaj klera teologo,” Bahá’u’lláh respondis, “ĉi tiuj vortoj, kiujn vi kritikas, ne estas la vortoj de Báb. Ili estis eldiritaj de neniu malpli, ol la Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj, en sia respondo al Kumayl-ibn-i-Zíyád, kiun li elektis sia kunulo.

La detaloj, kiujn Bahá’u’lláh ekrakontis rilate al la respondo, kiel ankaŭ la maniero de Lia eldiro, konvinkis la arogantan Mujtahidon pri liaj stulteco kaj eraro. Senpova nei tiel gravan deklaron, li preferis silenti. Unu Siyyid kolere ekkriis: “Eĉ ĉi tiu deklaro konklude montras, ke ĝia aŭtoro mem estas babano kaj neniu malpli, ol ĉefa klariganto de la doktrinoj de tiu sekto.” Li instigis en flamaj vortoj, ke ĝiaj sekvantoj estu mrotigitaj. “Ĉi tiuj nekonataj sektanoj estas fortaj malamikoj”, li kriis, “kaj de la Ŝtato kaj de la Kredo de Islámo! Ni devas ĉiel ekstermi tiun herezon.” Li estis subtenata en sia denunco fare de la aliaj siyyidoj ĉeestantaj, kiuj, kuraĝigitaj de la melbenoj eldiritaj dum tiu kunsido, insistis, ke la guberniestro konsentu senhezite al iliaj deziroj.

La vicguberniestro multe embarasiĝis, kaj sentis, ke ia signo de indulgo siaflanke estus ŝarĝita de seriozaj sekvoj rilate al la sekureco de lia posteno. Dezirante bridi la pasiojn ekscititajn, li ordonis al siaj deĵorantoj pretigi la vergojn kaj tuj suferigi decan punon sur la kaptitojn. „Poste“, li aldiris, „ni malliberigos ilin ĝis la reveno de la guberniestro, kiu sendos ilin al ṭihrán, kie ili ricevos de la suvereno la punon, kiun ili meritas.”

La unua, kiu estis ricevonta la bastonadon, estis Mullá Báqir. “Mi estas nur ĉevalisto de Bahá’u’lláh” li insistis. “Mi estis survoje al Mashhad, kiam oni neatendinte arestis min kaj kondukis min tiel ĉi.” Bahá’u’lláh intervenis kaj sukcesis inklinigi liajn subpremantojn, ke ili malliberigu lin. Li same propetis pro ḥájí Mírzá Jání, kiu, Li diris, estis “nura komercisto”, kiun Li konsideris kiel sian “gaston”, kaj pro tio Li “respondecas iajn akuzojn kontraŭ li.” Mírzá Yaḥyá, kiun ili ekenkatenigis, estis ankaŭ liberigita, tuj kiam Bahá’u’lláh deklaris lin esti Lia deĵoranto. “Neniu el ĉi tiuj viroj,” Li diris al la vicguberniestro, 2estas kulpa pri ia krimo. Se vi insistas suferigi vian punon, Mi proponas min kiel volontan Viktimon de via puno.” La vicguberniestro nevoleme devis ordoni, ke Bahá’u’lláh sola estu elektita suferi la indignindaĵon, kiun li unue intencis por Liaj kunuloj.[368]

La saman traktadon, kiu estis suferigita sur Bábon kvin monatojn antaŭe en Tabríz, Bahá’u’lláh suferis en la ĉeesto de la kuniĝintaj ulemoj de Ámul. La unua malliberiĝo, kiun Báb suferis de siaj malamikoj, estis en la domo de `Abdu’l-ḥamíd Khán, la policestro de Shíráz; la unua malliberiĝo de Bahá’u’lláh estis en la hejmo de unu el la kad-khudáoj de ṭihrán. La dua malliberiĝo de Báb estis en la kastelo de Mah’Ku; tiu de Bahá’u’lláh estis en la privata loĝejo de la

[368] “Ho Šľayňľ! Okazis al őí tiu malprave kulpigito tiaj aferoj, kiajn neniu okulo vidis. Ăoje kaj kun pleja rezignado Mi akceptis suferi, por ke per tio la animoj de la homaro estu lumigitaj kaj la Vorto de Dio pruvita. Kiam ni estis malliberigitaj en la Lando Mím (Mázindarán), oni unu tagon transkondukis nin al la ulemoj. Vi povas bone imagi tion, kio sekvis!” (“Epistolo al Filo de Lupo”, p.57.)

guberniestro de Ámul. Báb estis skurĝita en la namáz-khánih[369] de la Shaykhu'l-Islám de Tabríz; la sama indignindaĵo estis suferigita sur Bahá'u'lláhon en la namáz-khánih de la mujtahid de Ámul. La tria malliberiĝo de Báb estis en la kastelo de Chihríq; tiu de Bahá'u'lláh estis en la Síyáh-Chál[370] de ṭihrán. Báb, kies malĝojoj kaj suferoj antaŭis preskaŭ ĉiam tiujn de Bahá'u'lláh, oferis sin por elaĉeti sian Amaton el la danĝeroj, kiuj persekutis tiun karegan Vivon; dum Bahá'u'lláh, nevola, ke Tiu, kiu tiel ege amis Lin, estu la sola Suferanto, siaflanke partoprenis ĉiuokaze la pokalon, kiu tuŝis Liajn lipojn. Tian amon neniu okulo iam vidis, nek homa koro imagis tian reciprokan sindonon. Se la branĉoj de ĉiu arbo fariĝus plumoj, kaj ĉiuj maroj inko, kaj la tero kaj la ĉielo kunvolviĝus en pergamenon, la grandeco de tiu amo ankoraŭ restus neesplorita, kaj la profundaĵoj de tiu sindono nesonditaj.

Bahá'u'lláh kaj Liaj kunuloj restis kelkatempe malliberigitaj en unu el la ĉambroj apartenantaj al la masjid. La vicguberniestro, kiu ankoraŭ restis decidinta protekti sian malliberulon de la atakoj de daŭra malamikaro, sekrete instrukciis al siaj deĵorantoj, ke je nedifinita horo ili malfermu trairejon tra la muro de la ĉambro, en kiu la malliberuloj estis malliberigitaj, kaj transkonduku ilian ĉefon tuj al lia hejmo. Li estis mem kondukanta Bahá'u'lláhon al sia loĝejo, kiam Siyyid antaŭsaltis kaj, plej furioze parolatakante Lin, levis la bastonegon, kiun li tenis en la mano, por frapi Lin. La vicguberniestro tuj intermetis sin kaj, alpetante la atakanton, "solene petis lin je la Profeto de Dio", ke li haltigu la manon. "Kio!" ekkriis la Siyyid. "Kiel vi kuraĝas liberigi tiun, kiu estas forta malamiko de la Kredo de niaj prapatroj?" Brutularo dume kuniĝis ĉirkaŭ li, kaj per siaj kriegoj de noko kaj insulto plilaŭtigis la bruegadon, kiun li ekfaris. Spite de la plilaŭtiĝanta tumulto, la deĵorantoj de la vicguberniestro sukcesis konduki Bahá'u'lláhon sendanĝere al la loĝejo de sia majstro, kaj tiuokaze elmontris kuraĝon kaj spiritviglecon, kiuj estis vere mirigaj.

Spite de la protestadoj de la popolaĉo, la ceteraj malliberuloj estis kondukitaj al la registarejo, kaj tiamaniere evitis la danĝerojn, per kiuj oni minacis ilin. La vicguberniestro multege pardonpetis al Bahá'u'lláh pro la traktado, kiun la loĝantoj de Ámul montris al Li. "Se ne estus pro la intermeto de Providenco" li diris, "nenia forto estus ebliginta vian liberigon el la premteno de ĉi tiu malbonvola popolo. Se ne estus pro la efikeco de mai ĵurpromeso riski mian vivon pro vi, mi ankaŭ estis viktimiĝinta al ilia perforto, kaj estus piedpremita de ili." Li amare plendis pri la insultega konduto de la Siyyidoj de Ámul, kaj denuncis la malvirtecon de ilia karaktero. Li esprimis isn esti daŭre turmentata de la efikoj de iliaj malicaj ruzoj. Li ekservis Bahá'u'lláhon sindone kaj bonkore, kaj oni ofte aŭdis lin rimarki, dum lia konversacio kun Li: "Mi tute ne konsideras vin kiel malliberulon en mmia hemmo. Ĉi tiu domo, mi sentas, estis konstruita eĉ por la celo protekti vin de la ruzoj de viaj malamikoj."

Mi aŭdis Bahá'u'lláhon mem rakonti la jenon: "Nenia malliberulo iam ricevis tian traktadon, kian Mi ricevis de la vicguberniestro de Ámul. Li traktis Min plej pripenseme kaj estime. Mi estis malavare regalata de li, kaj ĉio, kio rilatis al Miaj sekureco kaj komforto, ricevis plejan atenton. Tamen, Mi ne povis eliri el la domo. Mia gastiganto timis, ke la guberniestro, kiu estis parenco de `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní, revenos de la fortikaĵo de ṭabarsí kaj suferigos malutilon sur Min. Mi provis despeli lian antaŭtimon. 'Tiu sama Ĉiopovo', Mi certigis lin, 'kiu liberigis nin el la manoj de la malbonfaruloj de Ámul, kaj ebligis al ni esti akceptitaj de vi kun tia gastameco en tiun ĉi domon, povas ŝanĝi la koron de la guberniestro kaj inklinigi lin, ke li traktu nin ne malpli estime kaj ame.'

"Unu nokton ni estis subite vekitaj pro la bruegado de la homoj, kiuj kuniĝis ekster la pordo de la domo. La pordo estis malfermita, kaj oni anoncis, ke la guberniestro revenis al Ámul. Niaj kunuloj, kiuj atendis novan atakon, tute miregis, kiam ili aŭdis la voĉon de la guberniestro riproĉanta tiujn, kiuj denuncis nin tiel amare en la tago de nia alveno. 'Pro kio', ni aŭdis lin laŭte protestanta, 'ĉi tiuj malvirtaj aĉuloj elektis trakti tiel malrespekte gaston, kiu estas senpova, kaj kiu ne havis okazon defendi sin? Kiel ili previgas sian postulon por lia tuja mortigo? Kian atestaĵon ili havas por subteni sian kontraŭparolon? Se ili estas sinceraj en siaj pretendoj, ke ili estas sindone dediĉitaj al Islámo, kaj ke ili estas la gardantoj de ĝiaj interesoj, ili foriru al la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí kaj tie elmontru sian kapablecon defendi tiun Kredon, kies probatalantoj ili deklaras sin.'"

Tio, kion li vidis pri la heroeco de la defendantoj de la fortikaĵo, tute ŝanĝis la animon kaj koron de la guberniestro de Ámul. Li revenis plena de admiro por Afero, kiun li antaŭe malamis, kaj kies progreson li ageme rezistis. La okazaĵoj, kiujn li vidis, forigis liajn koleregon kaj fieregon. Humile kaj respekteme li iris al Bahá'u'lláh kaj pardonpetis pro la insultoj de la loĝantoj de urbeto, kiun li estis elektita regi. Li servis Lin kun ega sindono, tute ignorante siajn proprajn postenon kaj rangon. Li arde laŭdis Mullá ḥusaynon, kaj longe priparolos lian rimedoplenecon, lian sentimon, liajn lertecon kaj animnobledon. Kelkajn tagojn poste, li sukcesis aranĝi la sendanĝeran foriron de Bahá'u'lláh kaj Liaj kunuloj al ṭihrán.

La intenco de Bahá'u'lláh partopreni la sorton de la defendantoj de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí estis destinita resti neplenumita. Kvankam mem egedezirplena helpi ĉielpove la sieĝatojn, tamen Li estis indulge savita, pere de la mistera malpermeso de Providenco, de la tragedia sorto, kiu estis baldaŭ okazonta al la ĉefaj partoprenantoj de iu memorinda lukto. Se estus ebliĝinte al Li atingi la fortikaĵon, se estus permesite al Li kuniĝi kun la anoj de tiu heroa aro, kiel Li povus ludi sian rolon en tiu granda dramo, kiun Li estis destinita prezenti? Kiel Li povus fini la laboron, kiu estis tiel glore elpensita kaj tiel mirinde inaŭgurita? Li estis en la flortempo de sia vivo, kiam atingis Lin la voko el Shíráz. En la aĝo de dudek sep jaroj Li leviĝis konsekri sian vivon al ĝia servado, sentime dediĉis sin al ĝiaj instruoj, kaj distingiĝis

[369] Laŭlitere "preĝejo".

[370] Laŭlitere "nigra kavo", la subtera malliberejo, en kiu Bahá'u'lláh estis malliberigita.

per la ekzempla rolo, kiun Li ludis dissemante ĝin. Nenia peno estis tro granda por la energio dotita al Li, kaj nenia ofero tro dolora por la sindono, per kiu Lia kredo inspiris Lin. Li firĝetis ĉian penson de emintenteco, de riĉeco kaj ranto, por plenumi la taskon, kiun Li ekdeziris atingi. Nek la riproĉoj de Liaj amikoj nek kla minacoj de Liaj malamikoj povis inklinigi Lin ĉesi probatali Aferon, kiun ili ĉiuj konsideris kiel nekonatan kaj malpermesitan sekton.

La unua enkarcerigo, al kiu Li estis subigita rezulte de la helpo, kiun Li donis al la kaptitoj de Qazvín; la kapableco, per kiu Li okazigis la liberegon de ṭáhirih; la ekzempla maniero, laŭ kiu Li direktis la tumultajn okazaĵojn en Badasht; la maniero, laŭ kiu Li savis al vivon de Quddús en Níyálá; la saĝeco, kiun Li montris, kiam Li gvidis la subtilan situacion kaŭzitan de la ardegeco de ṭáhirih, kaj Lia vigleco por ŝia protektado; la konsiloj, kiujn Li donis al la defendantoj de la fortikaĵo de ṭabarsí; la plano, kiun Li elpensis por aligi la aron de Quddús al tiu de Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj; la spon5taneeco, kun kiu Li leviĝis subteni la penojn de tiuj kuraĝaj defendantoj; la grandanimeco, kiu igis Lin oferi sin kiel anstataŭanton por siaj kunuloj, kiuj estis minacataj de severaj indignindaĵoj; la trankvileco, kun kiu Li elportis la severecon suferigitan sur Lin rezulte de la atenco mortigi ŝahon Náṣiri'd-Dín; la indignindaĵoj, per kiuj oni superŝutis Lin dum la tuta vojo de Lavásán al la ĉefsidejo de la imperiestra armeo kaj de tie al la ĉefurbo; la pika ŝarĝo de ĉenoj, kiujn Li portis dum Li kuŝis en la mallumo de la Síyáh-Chál de ṭihrán – ĉiuj ĉi estas nur kelkaj ekzemploj, kiuj elokvente atestas la unikan rangon, kiun Li okupis kiel la ĉefa Instiganto de la fortoj, kiuj estis destinitaj reformi la aspekton de Lia anskiĝlando. Estis Li, kiu liberigis tiujn fortojn, kiu direktis ilin, harmoniigis ilian  agadon, kaj gvidis ilin fine al ilia plej alta plenumiĝo en la Afero, kiun Li mem estis destinita poste malkaŝi.

## *Ĉapitro XX*
## *La Tumulto de Mázindarán (daŭrigita)*

La militistaro sub komando de princo Mihdí-Qulí Mírzá dume eliĝis el sa stato de tuta senkuraĝo, en kiun ĝi eniĝis, kaj estis nun diligente pretiĝanta rekomenci sian atakon kontraŭ la okupantoj de la fortikaĵo de ṭabarsí. Ĉi tiuj trovis sin denove ĉirkaŭitaj de grandnombra armeo, antaŭ kiu marŝis `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní kaj Sulaymán Khán-i-Afshár-i-Shahríyárí, kiuj, kune kun kelkaj regimentoj de infanterio kaj kavalerio, rapidis plifortigi la soldataron de la princo.[371] Iliaj kunigitaj militistaroj starigis tendaron en la proksimeco de la fortikaĵo,[372] kaj komencis starigi ĉirkaŭ ĝi serion de sep kazernoj. Kun pleja aroganteco ili strebis unue elmontri la amplekson de la fortoj sub ilia komando, kaj kun pligrandiĝanta fervoro dediĉis sin al ĉiutaga praktikado de siaj armiloj.

La malsufiĉeco de akvo dume devigis al la sieĝatoj fosi puton interne de la fortikaĵo. En la tago, kiam la laboro estis plenigota, la okan tagon de la monato Rabí`u'l-Avval,[373] Mullá ḥusayn, kiu estis observanta siajn kunulojn plenumantajn tiun ĉi taskon, rimarkigis: "Hodiaŭ ni havos tiom da akvo, kiom ni bezonos por nia bano. Purigitaj de ĉiuj surteraj malpuraĵoj, ni serĉos la kortegon de la Plajpotenculo kaj rapidos al nia eterna loĝejo. Kiu ajn estas volonta partopreni la pokalon de martireco, tiu pretiĝu kaj atendu la horon, kiam li povos siglei per sia vivosango sian kredon je sia Afero. En ĉi tiu nokto, antaŭ tagiĝo, tiuj, kiuj deziras kuniĝi kun mi, estu pretaj eliri de malantaŭ ĉi tiuj muroj kaj, dispelante denove la mallumon, kiu persekutas nian vojon, supreniri nemalhelpite al glorego."

En tiu sama posttagmezo, Mullá ḥusayn plenumis sian lavadon, vestis sin per novaj vestoj, kovris la kapon per la turbano de Báb, kaj pretiĝis por la alproksimiĝanta lukto. Nedifinebla ĝojo lumigis lian vizaĝon. Li serene aludis al la horo de sia foriro, kaj ĝis sia lasta momento daŭris vivigi la fervoron de siaj kunuloj. Sola kun Quddús, kiu tiel forte rememorigis lin pri lia Amato, li malkaŝis, dum li sidis ĉe liaj piedoj en la finaj momentoj de sia surtera vivo, ĉion, ravita animo ne povis plu reteni. Baldaŭ post noktomezo, tuj kiam la matena stelo leviĝis, tiu stelo, kiu proklamis al li la tagiĝon de eterna reunuiĝo kun sia Amato, li ekstaris kaj, surseliĝante, signalis, ke la pordo de la fortikaĵo estu malfermita. Dum li elrajdis antaŭ tricent kaj dektri el siaj kunuloj renkonti la malamikon, la krio "Yá ṣáḥibu'z-Zamán!"[374] denove laŭtiĝis, krio tiel forta kaj potenca, ke arbaro, fortikaĵo, kaj tendejo vibris pro ĝia resonada eĥo.

---

[371] "Tiamaniere konfuzita kaj ne sciante kien turni sin, la kompatinda Šľáh-zádih ordonis, ke oni kunigu novan militistaron kaj starigu alian armeon. La loăantoj de la urboj tute ne deziris iri servi sub őefo, kies merito kaj kuraăo ne estis pruvitaj. Tamen, pere de iom da mono kaj multaj promesoj, la Mulláoj precipe, kiuj ne preterlasis siajn interesojn, kaj kiuj estis pleje koncernataj en őiuj ői tiuj aferoj, tiel multe agitiăis, ke fine oni kunigis sufiőe grandan nombron da tufang-čľíoj. Rilate al la kavalerianoj de la triboj ekde la momento, kiam iliaj őefoj surseliăas, ili faras same kaj ne demandas pli. `Abbás-Qulí Ňľán-i-Laríjaní obeis senhezite al la ordono sendi novan kontingenton. Sed tiun ői fojon, őu pro malfido al princo, kies stulteco povus vane endanăerigi ties parencojn kaj ties regatojn, őu pro certa ambicio rimarkindiăi, li ne konfidis plu al iu la direktadon de siaj soldatoj. Li estriăis super ilin, kaj, anstataů rekuniăi kun la reăa armeo, li per brava ekfaro foriris rekte por ataki la babanojn en ilia rifuăejo, poste li avizis al la princi, ke li alvenis antaů la kastelon de Šľayňľ tabarsi, kaj ke li sieăas ăin. Cetere, li anoncis, ke li ne bezonas helpon, ke lia soldataro estas pli ol sufiőa, kaj se nur plaőus al Lia Reăa Moěto vidi siaflanke la manieron, laů kiu li, `Abbás-Qulí Ňľán-i-Laríjaní, estas traktonta la ribelantojn, estus honoro kaj plezuro al li." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.70-71.)

[372] "Mihdí-Qulí Mírzá ne povis ěajni esti koraăega militisto, kiel ni ŕus vidis; sed li anstataůigis egan obstinon per eco ankaů utila al generalo. Li ne kredis laůvorte la fanfaronaŕojn de siaj vicestroj. Timante do, ke malfeliőo okazos al la senprudenta nomado, li tuj sendis al li helpon. Tial foriris en granda rapido Muḥsin Ňľán-i-ṣúrití kun siaj kavalerianoj, soldataro de Afřľánanoj, Muḥammad-Karím Ňľán-i-Ašľrafí kun tufang-čľíoj de la urbo, kaj Ňľalíl Ňľán de Savád-Kúh kun la soldatoj de Qádí-Kalá. (Ibid., p.171.)

[373] 1. Februaro, 1849 p.Kr.

[374] Vidu la Glosaron.

Mullá ḥusayn unue atakis la barikadon defendatan de Zakaríyyáy-i-Qádí-Kalá'í, unu el la plej bravaj oficiroj de la malamiko. Post amllonga tempo li perfortis vojon tra tiun barieron, forigis ĝian komandanton, kaj dispelis liajn soldatojn. Alkurante kun la sama rapideco kaj sentimo, li venkis kaj la duan kaj la trian barikadojn, dissemante, dum li antaŭeniris, malesperon kaj konsternon inter siaj malamikoj. Nedetenigita de la kugloj, kiuj pluvis senĉese sur lin kaj liajn kunulojn, ili antaŭenrapidis ĝis la ceteraj kazernoj estis ĉiuj kaptitaj kaj renversitaj. Meze de la rezultanta tumulto, `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní suprenrampis arbon, kaj, kaŝinte sin inter ĝiaj branĉoj, atendis embuske siajn kontraŭulojn. Protektante per la mallumo, kiu ĉirakŭis lin, li povis vidi de sia kaŝejo la movojn de Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj, kiuj estis malkaŝitaj per la furioza brilego de la kunflagrado, kiujn ili ekbruligis. La ĉevalo de Mullá ḥusayn subite implikiĝis en ŝnuro de apuda tendo, kaj antaŭ ol li povis eltiri sin, li estis frapita en la bruston de kuglo de sia perfidema atakanto. Kvankam la pafo trafis, tamen `Abbás-Qulí Khán ne sciis la identecon de la rajdisto, kiun li vundis. Mullá ḥusayn, kiu estis ege sangadanta, elseliĝis, ŝancelis kelkajn paŝojn, kaj, senpova plueniri, terenfalis tutlacigita. Du el liaj junaj kunuloj de Khurásán, Qulí kaj ḥasan, venis al lia helpo kaj portis lin al la fortikaĵo.[375]

Mi aŭdis la jenen rakonton de Mullá ṣádiq kaj Mullá Mírzá Muḥammad-i-Furúghí: "Ni estis inter tiuj, kiuj restis en la fortikaĵo kun Quddús. Tuj kiam Mullá ḥusayn, kiu ŝajne estis senkonsciiĝinta, estis enportita, ni estis ordonitaj retiriĝi. 'Lasu min sola kun li,' estis la vortoj de Quddús dum li ordonis al Mírzá Muḥammad-Báqir, ke li fermu la pordon kaj malpermesu eniron al iu, kiu dezirus vidi lin. 'Estas certaj konfidencaj aferoj, kiujn mi deziras, ke nur li sciu.' Kelkajn minutojn poste ni miregis, kiam ni aŭdis la voĉon de Mullá ḥusayn respondanta al demandoj de Quddús. Du horojn ili daŭre interparolis unu kun la alia. Ni miris vidi Mírzá Muḥammad-Báqiron tiel multe maltrankviligita. 'Mi estis observanta Quddúson', li poste informis nin, 'tra fendo en la pordo. Tuj kiam li eldiris lian nomon, i vidis Mullá ḥusaynon leviĝi kaj sidiĝi laŭ sia kutimo genuflekse apud li. Kapoklinite kaj humile li aŭskultis al ĉiu vorto, kiu aŭdiĝis el la lipoj de Quddús, kaj respondis al liaj demandoj. "Vi rapidigis la horon de via foriro", mi povis aŭdi Quddúson rimarkigi, "kaj forlasis min al la senkompato de miaj malamikoj. Se plaĉos al Dio, antaŭ nelonge mi kuniĝos kun vi kaj spertos la dolĉecon de la neesprimeblaj ĝojoj de la ĉielo." Mi povis aŭdi la jenajn vortojn eldiritajn de Mullá ḥusayn: 'Mia vivo estu elaĉeto por vi. Ĉu vi estas bone kontenta pri mi?'

"Longa tempo pasis, antaŭ ol Quddús ordonis al Mírzá Muhamma-Báqir malfermi la pordon kaj enlasi liajn kunulojn. 'Mi diris mian lastan adiaŭon al li', li diris, dum ni eniris la ĉambron. 'Tio, kion antaŭe mi opiniis malpermesebla eldiri, mi nun konfidis al li.' Ni trovis ĉe nia alveno, ke Mullá ḥusayn mortis. Rideto ankoraŭ vidiĝis sur lia vizaĝo. Tia estis la trankvileco de lia vizaĝo, ke li ŝajnis esti endormiĝinta. Quddús atentis lian enterigon, vestis lin per sia propra ĉemizo, kaj instrukciis, ke oni kuŝigu lin sude de kaj apud la sanktejo de Shaykh ṭabarsí.[376] 'Estas bone al vi, ke ĝis via lasta horo vi restis fidela al la Interligo de Dio', li diris, dum li adiaŭe kisis liajn okulojn kaj frunton. 'Mi preĝas al Dio, ke Li malpermesu ian apartigon inter vi kaj mi.' Li parolis tiel korŝire, ke la sep kunuloj starantaj apud li ege ploris, kaj deziris, ke ili mem estus oferitaj anstataŭ li. Per siaj propraj manoj Quddús kuŝigis la kadavron en la tombon, kaj avertis tiujn, kiuj estis starantaj apud li, ke ili restu sekretemaj rilate al la loko, kiu servas kiel lia ripozejo, kaj ke ili kaŝu ĝin eĉ de siaj kunuloj. Li poste instrukciis al ili enterigi la kadavrojn de la tridek ses martiroj, kiuj mortfalis dum tiu batalo, en unusaman tombon nordflanke de la sanktejo de Shaykh ṭabarsí. 'La amatoj de Dio', oni aŭdis lin rimarkigi dum li kuŝigis ilin en ilian tombon, 'atentu la ekzemplon de ĉi tiuj martiroj de nia Kredo. Dumvive ili estu kaj restu tiel unuiĝintaj, kiel ĉi tiuj estas nun en la morto.'"

Ne malpli, ol naŭdek el la kunuloj estis vunditaj en tiu nokto, la plejmulto el kiuj mortis. De la tago de ilia alveno al Bárfurúsh ĝis la tago, kiam ili estis unue atakitaj, kiu okazis la dekduan de Dhi'l-Qa'dih en la jaro 1264 p.H.,[377] ĝis la tago de la morto de Mullá ḥusayn, kiu okazis je tagiĝo le naŭan de Rabí'u'l-Avval en la jaro 1265 p.H.,[378] la nobro de la martiroj, laŭ kalkulo de Mírzá Muḥammad-Báqir, atingis ĝis sepdek du.

De la tempo, kiam Mullá ḥusayn estis atakita de siaj malamikoj ĝis la tempo de lia martiriĝo, estis cent kaj dekses tagoj, periodo memorigita de faroj tiel heroaj, ke eĉ liaj plej amaraj malamikoj sentis sin devigitaj konfesi sian miron. En kvar apartaj okazoj li leviĝis al tiaj glorego kaj potencego, kiajn nur tre malmultaj povus atingi. La unua bataleto okazis la dekduan de Dhi'l-Qa'dih,[379] en la ĉirkaŭaĵo de Bárfurúsh; la dua, en apudeco de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí, la kvinan tagon de la monato Muḥarram,[380] kontraŭ la militistaro de `Abdu'lláh Khán-i-Turkamán; la tria, en Vás-Kas, la dudek kvinan de Muḥarram,[381] kaj ĝi estis direktita kontraŭ la armeo de princo Mihdí-Qulí Mírzá. La lasta kaj plej memorinda

---

[375] "Kvankam vundita, taemen la babana őefo daůris fari ordonojn kaj gvidi kaj stimuli la movadojn de siaj kunuloj ăis la momento, kiam, vidante, ke őiuj eblaj rezultatoj estas atingitaj, li signalis retiriăon, kaj mem restis kun la postgvardio." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.174.)

[376] "Lia (de Mullá ḥusayn) kadavro ankoraů ripozas en la interna őambrego de la sanktejo de Šľayňľ ṭabarsí, kien, laů ordono de Mullá Muḥammad-`Alí Bárfurúšľí, ăi estis respektege kuěigita de liaj funebrantaj kunuloj komence de la jaro 1849 p.Kr." ("Historio de Vojaăanto," Noto F, p.245.)

[377] 10. Oktobro, 1848 p.Kr.

[378] 2. Februaro, 1849 p.Kr.

[379] 10. Oktobro, 1848 p.Kr.

[380] 1. Decembro 1848 p.Kr.

[381] 21. Decembro, 1848 p.Kr.

el ĉiuj bataloj estis direktita kontraŭ la kuniĝintaj militistaroj de `Abbás-Qulí Khán, de princo Mihdí-Qulí Mírzá, kaj de Sulaymán Khán-i-Afshár, helpita de aro de kvardek kvin oficiroj lerte kapablaj kaj mature spertaj. El ĉiu el ĉi tiuj varmegaj kaj furiozaj bataloj Mullá ḥusayn eliĝis sendifekta kaj triumfa, malgraŭ la superaj militistaroj vicigitaj kontraŭ li. En ĉiu bataleto li distingiĝis per tiaj agoj de kuraĝo, de kavalireco, de lerteco, kaj de forto, ke ĉiu sola sufiĉus starigi por ĉiam la superegan karakteron de Kredo, por kies protektado li tiel brave batalis, kaj sur kies vojo li tiel noble mortis. La ecoj de animo kaj karaktero, kiujn li elmontris eĉ de sia juneco, la profundeco de lia klereco, la persistemo de lia kredo, lia sentima kuraĝo, lia simplanimeco, lia alta sento de justeco, kaj lia neflankiĝanta sindono, signis lin kiel elstarantulon inter tiuj, kiuj per siaj vivoj atestis la gloron kaj potencon de la nova Revelacio. Li havis ses kaj tridek jarojn, kiam li trinkegis la pokalon de martireco. En la aĝo de dekok jaroj li konatiĝis en Karbilá kun Siyyid Kazim-i-Rashit. Naŭ jarojn li sidis ĉe liaj piedoj, kaj ensorbis la lecionon, kiu estis destinita pretigi lin por la akcepto de la Revelacio de Báb. La naŭ restantajn jarojn de sia vivo li pasigis en senripoza, febra agemeco, kiu portis lin fine al la marireca kampo, en tiaj cirkonstancoj, kiaj verŝis senmortan brilecon sur la historion de lia lando.[382]

Tiel plena kaj humiliga malvenko paralizis dum kelka tempo la penojn de la malamiko. Kvin kaj kvardek tagoj pasis, antaŭ ol ili povis denove rekunigi siajn militistarojn kaj renovigi sian atakon. Dum ĉi tiu intertempo, kiu finiĝis per Naw-Rúz, la granda malvarmego inklinigis ilin prokrasti sian entreprenon kontraŭ malamiko, kiu superŝutis ilin per tiom da reproĉo kaj honto. Kvankam iliaj atakoj estis interrompitaj, la oficiroj estrantaj la restaĵojn de la imperia armeo severe malpermesis alvenon de ĉiaj plifortigoj al la fortikaĵo. Kiam iliaj manĝaĵoj estis preskaŭ plenĉerpitaj, Quddús instrukciis al Mírzá Muḥammad-Báqir, ke li desdonu inter liaj kunuloj la rizon, kiun Mullá ḥusayn konservis por tempo de bezono. Kiam ĉiu ricevis sian porcion, Quddús kunvokis ilin kaj diris: “Kiu ajn sentas sin sufiĉe forta por kontraŭstari la afliktegojn baldaŭ okazontajn al ni, tiu restu kun ni en ĉi tiu fortikaĵo. Kaj kiu ajn sentas en si malplejan heziton kaj timon, tiu forlasu tiun ĉi lokon. Tiu foriru tuj, antaŭ ol la malamiko denove kunigos siajn militistarojn kaj atakos nin. La vojo estos baldaŭ barita antaŭ ni; tre baldaŭ ne renkontos la plej severan malfacilaĵon kaj viktimiĝos pro ruinigaj afliktoj.”

En la sama nokto, kiam Quddús estis farinta tiun ĉi averton, Siyyid el Qum, Mírzá ḥusayn-i-Mutávallí, sentis sin instigita perfidi siajn kunulojn. “Pro kio”, li skribis al `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní, “vi ne finis la laboron, kiun vi komencis? Vi jam forigis timigan kontraŭulon. Per la forigo de Mullá ḥusayn, kiu estis la instiga forto malantaŭ ĉi tiuj muroj, vi detruis la kolonon, de kiu dependas la forto kaj firmeco de la fortikaĵo. Se vi estus estinta pacienca unu tagon pli, vi certe estus gainomata por vi la kronon de triumfo. Mi promesas, ke, kun ne pli ol cent viroj, vi povos kapti la fortikaĵon antaŭ la forpaso de du tagoj kaj akiri la senkondiĉan cedon de ĝiaj okupantoj. Ili estas ellacigitaj pro malsatego kaj estas dolorige afliktataj.” La sigelita letero estis konfidita al certa Siyyid `Alíy-i-Zargar, kiu, portanta kun si la rozporcion, kiun li ricevis de Quddús, ŝtele eliris el la fortikaĵo je noktomezo kaj transdonis ĝin al `Abbás-Qulí Khán, kiun li jam konis. La komuniko atingis lin en la tempo, kiam li estis rifuĝinta en vilaĝon ĉe distanco de kvar farsangoj[383] de la fortikaĵo, kaj ne sciis, ĉu li reiru al la ĉefurbo kaj prezentu sin al sia suvereno post tiel hontega malvenko aŭ ĉu li iru hejmen en Láríján, kie li certe ricevus la riproĉojn de siaj parencoj kaj amikoj.

Li estis ĵus ellitiĝinta, kiam je sunleviĝo la Siyyid transdonis al li la leteron. La novaĵo pri la morto de Mullá ḥusayn fortigis lin al nova decido. Timante, ke la sendito disvastigos la raporton pri la morto de tiel kureĝaga kontraŭulo, li tuj

---

[382] “Inter ili estis Mullá ḥusayn, kiu ricevis la bilegan gloron de la Suno de Revelacio. Se ne estus pro li, Dio ne estus establiăinta sur la sidlokon de sia kompato, nek Li estus surtroniăinta sur la tronon de eterna gloro.” (“Kitáb-i-Íqán”, p.188.) Vidu noton ..., p. .... “Korpe malforta, sed brava soldato kaj pasia amanto de Dio, li kunigis kvalitojn kaj ecojn, kiujn eő en la spirita aristokratio de Persujo oni malofte trovas uniăintaj en la sama persono.” (“La Akordiăo inter Gentoj kaj Religioj”, de d-ro T.K. Cheyne, p.83.) “Fine”, skribas Gobineau, “li mortis, kaj la nova religio, kiu ricevis en li sian unuan martiron, perdis samtempe viron, kies forto de karaktero kaj lerteco estus farontaj al li tre utilajn servojn se lia vivo estus plilongiăinta. La mahometanoj kompreneble sentas profundan abomenon kontraů la memoro pri őí tiu őefo; la babanoj male dediőas al li respektegon Ambaů partioj pravas. Tio, kio estas certa, estas, ke Mullá ḥusayn-i-Bušľrú’í estas la unua, kiu donis al Bábismo en la persa imperio tiun rangon, kiun religia aů politika partio atingas, laů opinio de la popoloj, nur post kiam ăi agis kiel vireca militistaro.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.176.) “La mortinta ḥájí Mírzá Jání skribas: ‘Mi mem renkontis lin (Mírzá Muḥammad-ḥasan, la pli juna frato de Mullá ḥusayn), kiam li estis kondukanta siajn patrinon kaj fratinon el Karbilá al Qazvín kaj el Qazvín al ṭihrán. Lia fratino estis la edzino de Šľayňľ Abú-Turáb de Qazvín, kiu estis tia klerulo kaj filozofo, kian oni malofte renkontas, kaj li kredis kun plejaj sincereco kaj pureco, dum liaj amo kaj sindono al Báb estis tiaj, ke, se iu eő menciis la nomon de Lia Supera Sankteco (őiuj animoj krom la lia estu Lia ofero), li ne povis deteni siajn larmojn. Ofte mi vidis lin, kiam li estis leganta la verkojn de Lia Supera Sankteco, preskaů freneziăi pro ravo, kaj preskaů sveni pro ăojo. Pri sia edzino li kutimis dire: “Mi edziăis kun ĕi antaů tri jaroj en Karbilá. Ĕi estis tiam nur mezbona studantino eő pri la persa lingvo, sed nun ĕi povas interpreti tekstojn el la Korano kaj klarigi la plej malfacilajn demandojn kaj plej subtilajn punktojn el la doktrino de la Dia Unueco tiamaniere, ke mi neniam vidis viron, kiu estis ĕia egalulo pri őí tio, aů pri rapideco de ekkompreno. Tiujn őí talentojn ĕi akiris per la beno de Lia Sankteco la Superulo kaj per interrilato kun ĕia sankteco la Purulino (Qurratu’l-`Ayn). Mi vidis en ĕi tiajn paciencon kaj rezignadon, kaj estas maloftaj eő en la plej sindetenemaj viroj, őar dum őí tiuj tri jaroj, kvankam mi ne sendis al ĕi unuopan dinaron por ĕiaj elspezoj, kaj ĕi subtenis sin nur treege malfacile, tamen ĕi neniam eldiris vorton; kaj nun, kiam ĕi estas alveninta al ṭihrán, ĕi tute detenas sin de parolado pri la pasinteco, kaj kvankam ĕi nun deziras iri al Ňľurásán laů la deziroj de Jináb-i-Bábu’l-Báb, kaj ja havas neniajn vestojn krom la sola boneluzita vesto, kiun ĕi portas, tamen ĕi neniam petas vestojn aů veturpagon, sed őiam serőas justajn pretekstojn por trankviligi kaj por forigi de mi sentojn de honto. Ĕiaj pureco, őasteco, kaj virteco estas senlimaj, kaj dum őí tiu tempo, nenia senprivilegiita persono eő aůdis ĕian voőon.” Sed la virtojn de la filino superis tiuj de la patrino, kiu havis bonegajn klerecon kaj kapablojn, kaj kiu verkis multajn poemojn kaj elokventajn elegiojn pri la afliktoj de siaj filoj. Kvankam Jináb-i-Bábu’l-Báb avertis ĕin pri sia alproksimiăanta martiriăo kaj antaůdiris al ĕi őiujn okazontajn afliktegojn, tamen ĕi daůris elmontri la samajn avidan sindonon kaj kuraăan rezignadon, ăojante, ke Dio akceptis la oferon de ĕiaj filoj, kaj eő preăis, ke ili atingu tiun őí grandan dignon kaj ne estu seinigitaj je tiel granda beniteco. Estas ja mirinde mediti pri őí tiu virteca kaj sankta familio, la filoj tiel elstaraj pro siaj simplanima sindono kaj memofero, la patrino kaj filino tiel paciencaj kaj rezignaj. Kiam mi, Mírzá Jání, konatiăis kun Mírzá Muḥammad-ḥasan, li havis nur deksep jarojn, tamen mi vidis en li tiajn dignon, seriozon, trankvilon, kaj virtecon, kiaj mirigis min. Post la morto de Jináb-i-Bábu’l-Báb, Hađrat-i-Quddús donacis al li la glavon kaj turbanon de tiu glora martiro, kaj elektis lin kapitano de la soldataro de la Vera Reăo. Rilate al lia martiriăo, estas malsamaj opinioj pri tio, őu li estis mortigita dum la matenmanăo en la tendejo aů őu li suferis martiriăon kun Jináb-i-Quddús en la placo de Bárfurúšľ.’” (“Táriňľ-i-Jadíd”, pp.93-5.) La fratino de Mullá ḥusayn estis alnomita “Varaqatu’l-Fridaws”, kaj intime kunestis en Karbilá kun ṭáhirih. (“Memoraŕoj de la Kredantoj”, p.270.)

[383] Vidu la Glosaron.

mortigis lin, kaj tiam elpensis ian strangan ruzon por deturni de si la murdsuspekton. Decidiĝinta plene profiti la aflikton de la sieĝatoj kaj la malplenigon de ilia viraro, li entreprenis tuj la necesajn pretigojn por rekomenci siajn atakojn. Dek tagojn antaŭ Naw-Rúz li starigis tendaron ĉe duonfarsango de la fortikaĵo, kaj konstatis la ĝustecon de la komuniko, kiun tiu perfidema Siyyid portis al li. Esperante akiri por si ĉiun eblan honoron pro la fina cedo de siaj kontraŭuloj, li rifuzis malkaŝi eĉ al siaj plej intimaj oficiroj la informon, kiun li ricevis.

Ĵus tagiĝis, kiam li suprenlevis sian standardon[384] kaj, marŝante antaŭ du regimentoj de infanterio kaj kavalerio, ĉirkaŭis la fortikaĵon kaj ordonis al siaj soldatoj ekpafi sur la gardostarantojn, kiuj estas gardantaj la turetojn. "la perfidulo", Quddús informis al Mírzá Muḥammad-Báqir, kiu rapidis sciigi al li la gravecon de la situacio, "anoncis la morton de Mullá ḥusayn al `Abbás-Qulí Khán. Kuraĝigita pro lia forigo, li nun decidis atakegi nian fortikaĵon kaj havigi al si la honoron esti ĝia sola venkinto. Ekeliru kaj, kun la helpo de dekok viroj marŝantaj apud vi, suferigu taŭgan punon sur la atakanton kaj lian armeon. Li konstatu, ke, kvankam Mullá ḥusayn jam ne vivas, la nevenkebla potenco de Dio ankoraŭ daŭras subteni liajn kunulojn kaj ebligi al ili triumfi super la militistarojn de siaj malamikoj."

Tuj kiam Mírzá Muḥammad-Báqir elektis siajn kunulojn, li ordonis, ke oni ekmalfermu la pordon de la fortikaĵo. Eksurseliĝinte kaj laŭtigante la krion "Yá ṣáḥibu'z-Zamán!" ili ensaltis subite en la tendejon de la malamiko. La tuta armeo forkuris en konfuzo antaŭ tiel terura atako. Preskaŭ ĉiuj sukcesis forkuri. Ili atingis Bárfurúshon tute senkuraĝigitaj kaj malhonorigitaj. `Abbás-Qulí Khán tiel tremis pro timo, ke li falis de sur sia ĉevalo. En sia aflikto lasinte unu el siaj botoj pendi de la piedingo, li forkuris, duonpiedvestita kaj konfuzita, en la direkton, kien la armeo iris. Plena de malespero, li rapidis al la princo kaj konfesis la malhonoran malfeliĉaĵon, kiun li suferis.[385] Siaflanke, Mírzá Muḥammad-Báqir, eleveninte kune kun siaj dekok kunuloj sendifekta el tiu bataleto, kaj tenante la standardon, kiun ektimigita malamikaro forlasis, iris ĝojege al la fortikaĵo kaj antaŭmetis antaŭ sian ĉefon, kiu inspiris lin per tia kuraĝo, tiun ĉi signon de sia triumfo.

Tiel plena venko senŝarĝigis la premegitajn kunulojn. Ĝi plifortigis ilian unuecon kaj rememorigis ilin denove pri la efikeco de tiu potenco, kiun ilia Kredo donacis al ili. Ilia nutraĵo, ho ve, fariĝis jam ĉevalviando, kiun ili forportis kun si el la senhoma tendejo de la malamiko. Kun firma suferkapablo ili travivis la afliktojn, kiuj persekutis ilin ĉiuflanke. Iliaj koroj celis plenumi la dezirojn de Quddús; ĉio alia gravis nur malmulte. Nek la severeco de ilia aflikto nek la daŭraj minacoj de la malamiko povis igi ilin eĉ mulpleje deflankiĝi de la vojo, laŭ kiu iliaj mortintaj kunuloj tiel heroe paŝis. Troviĝis kelkaj, kiuj poste ŝanceliĝis en la plej malluma horo de malbonsorto. Tamen, la timemo, kiun ĉi tiu neatentinda

---

[384] "Tiun ői fojon la teruro en la provinco atingis sian plej altan gradon; la homoj ekscitegitaj de la sinsekvaj malvenkoj de Islámo komencis favori la novan religion. La militistaj őefoj sentis sian aůtoritaton ěanceliăi, la religiaj őefoj vidis konsciencojn foriăi de ili, la situacio estis ega streőa, kaj la plej eta okazo povis subite ŕeti Mázindaránon őe la piedojn de la Reformanto." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 315.) "Sed kiam la Sa'ídu'l-`Ulamá' informiăis pri tio (timante, ke la babanoj eniros Bárfurúšľon kaj donos al li la meritítan punon), kaptis lin maltrankviligo kaj konsterno, kaj li skribis kelkajn sinsekvajn leterojn al `Abbás-Qulí Ňľán, dirante: 'Mi gratulas vin pro viaj kuraăo kaj diskreteco, sed kiel pliplorinde estas, ke post kiam vi tiel penis, perdis tiom da viaj parencoj, kaj gajnis fine tiel rimarkindan triumfon, vi ne kompletigis ăin. Vi glavmortigis grandan popolamason, kaj revenis, lasante nur kelkajn kadukajn maljunulojn kiel postvivantojn. Ve pro tio, ke post viaj penoj kaj persisto, la princo nun pretiăas marěi kontraů la kastelo kaj kapti tiujn malmultajn kompatindulaőojn, do malgraů őio li gajnos la honoron pro ői tiu rimarkinda triumfo, kaj alproprigos al si la tutan monon kaj őiujn propraŕojn de la venkotoj! Vi devas tiuj kaj plej serioze preni sur vin reiron al la kastelo, antaů ol li iros, őar regado de tia provinco, kia estas Mázindarán, ne estas bagatelo. Strebu do gajni la tutan honoron pro ői tiu triumfo, kaj viaj penoj plenumu tion, kion via fervoro komencis.' Li ankaů skribis tre detale al la pastraro de Ámul, instige kuraăigante ilin, ke ili pleje penu igi la Sartípon `Abbás-Qulí Ňľán ekiri tuj sen plua prokrasto. Do ili daůris senőese rememorigi lin, ke estas lia devo marěi plej rapide kontraů la kastelo; kaj la Sartíp,, kvankam li sciis, ke tio, kion la Sa'ídu'l-`Ulamá' skribis al li, estas tute falsa kaj senfundamenta, tamen li estis avida, se estus eble, iom kompensi tion, kio okazis, kaj tiamaniere kvitigi sin iagrade de la malhonoro, kiun li suferis je vidpunkto de la Láríjánaj virinoj, kies edzojn li oferis, kaj de la registaro. Sed en si li konsumiăis pro maltrankvilo, timante, kiel en la antaůa militiro, ke li malsukcesos ion plenumi. Krome, la plejmulto el liaj soldatoj estis vunditaj, dum multaj forkuris kaj kaěis sin en la őirkaůajn vilaăojn kvar aů kvin farsangojn de la urbo. Do, kiel kelktempa anstataůaŕo, li skribis al la pastraro de Ámul, dirante: 'Se ői tio estas ja religia milito, vi, kiuj estas tiel fervoraj probatalantoj de la Kredo, kaj kiujn oni konsideras kiel ekzempligantojn, devas iri antaůe kaj fari la unuan paěon, por ke aliaj sekvu vin.' La pastraro, ne preta fari konvenan respondon, kaj vidante nenian eblecon senkulpiăi, devis sendi komunikon, ke la milito estas religia milito. Estis kunigita granda aro da komercistoj, ordinaraj personoj, kaj kanajloj, kaj ői tiuj iris al Bárfurúšľ kaj tie partoprenis la antaůeniron de princo Miihdi-Qulí Mírzá, kiu, atinginte vilaăon őe distanco de unu farsango de la kastelo sendis aron el siaj soldatoj por őirkaůesplori kaj akiri informon pri la movadoj de la babana garnizono." ("Táriňľ-i-Jadíd", pp.72-3.)

[385] La respektindaj teologoj, kiuj kun siaj studentoj venis partopreni la sanktan militon, apenaů povis dormi dum la nokto pro timo (kvankam ilia loăejo estis en loko őe distanco de du farsangoj de la kastelo), kaj daůre en sia konversacio ili severe insultis la princon kaj `Abbás-Qulí Ňľánon kaj malbenis la Sa'ídu'l-`Ulamá'on; 'őar', diris ili, 'ői tiuj, sen sufiőa kialo, prenis nin de nia studado, niaj diskutoj, kaj la perlaboro de nia pano, kaj krom tio, terure endanăerigis nin; őar batali kontraů ői tiaj viroj, kiuj malkonfesis la mondon kaj portas sian vivon en la manoj, estas fari grandan riskon.' Do la sankta verso, 'Ne ŕetu vin en danăeron per viaj propraj manoj', fariăis ilia őiutaga eldiro. Unu diris: 'Certaj cirkonstancoj seněarăigas min de la devo partopreni tiun ői militon nuntempe.' Alia (citante tridek diversajn pretekstojn) diris: 'Mi estas laůleăe seněarăigita kaj devas reiri.' Tria diris: 'Mi havas infanetojn por subteni; kion mi povas fari?' Kvara diris: 'Mi faris nenian provizon por mia edzino, do mi devas foriri, sed, se estus necese, mi revenos denove.' Kvina diris: 'Miaj kontoj kun certaj personoj ne estas salditaj; se mi martiriăus, oni forkonsumos mian riőaŕon kaj faros maljustecon al miaj edzino kaj infanoj; kaj malěaro kaj maljusteco estas ambaů kondamnitaj kiel antipatiaj al nia sankta religio kaj malplaőegaj al Dio.' Sesa diris: 'Mi ěuldas monon al certaj personoj, kaj havas neniom por pagi mian ěuldon. Se mi mortfalus, mia ěuldo ne lasus min transiri la Ponton de ṣiráṭ.' Sepa diris: 'Mi venis sen la scio de mia patrino, kaj ěi diris al mi: "Se vi iros, mi faros kontraůleăa al vi la lakton, per kiu mi nutris vin." Mi timas do, ke mia patrino malkonfesos min kiel malobeemulon.' Oka ploris, dirante: 'Mi ŕurpromesis viziti Karbiláon en ői tiu jaro; unu őirkaůiro őirkaů la sankta tombo estas egala merite al cent mil martiriăoj aů mil pilgrimadoj al Mekko. Mi timas malsukcesi en la plenumo de mia ŕurpromeso, kaj tiel seniăi je ői tiu granda beno.' Aliaj diris: 'Niaflanke, ni nek vidis en ői tiuj homoj nek aůdis pri ili ion, kio pruvas, ke ili estas senkreduloj, őar ili ankaů diras: "Estas nenia dio krom Dio, Mahometo estas la Apostolo de Dio, kaj `Alí estas la Amiko de Dio." Pleje, ili pretendas, ke la alveno de la Imám Mihdí jam okazis. Lasu ilin solaj; őar őiuokaze ili ne estas pli malbonaj, ol la sunnanoj, kiuj malakceptas la dektu Imámojn kaj la dekkvar őastajn sanktulojn, ekkonas tian, kia estas Umar, kiel kalifon, preferas Uťľmánon, ol Ali-ibn-i-Abi-ṭálib, kaj Abu-Bekron kiel la posteulon de nia sankta Profeto. Kial niaj teologoj lasu tiujn netuěitaj, kaj batalu kontraů ői tiuj pri aferoj, kies ăustecoj kaj eraroj ne estas bone deciditaj?' Per malmultaj vortoj, tute tra la tendejo aůdiăis murmuroj el őiu lango kaj plendoj el őiu buěo; őiu kantis apartan kanton kaj elpensis apartan pretekston, kaj őiuj nur atendis ian ěajne akceptindan pretekston por forkuri. Do kiam `Abbás-Qulí Ňľán vidis, ke la afero estas tia, kaj timante, ke la infekto de ilia teruro disportiăos al liaj soldatoj, li estis devigita akcepti la pretekstojn de ői tiuj respektindaj teologoj kaj iliaj disőiploj kaj sekvantoj, kiuj tuj foriris ege ăojante, kaj preăante por la sukceso de la Sartíp. ("Táriňľ-i-Jadíd", pp.74-6.)

elemento devis elmontri, fariĝis sensignifa antaŭ la lumo, kiun la amaso de iliaj kuraĝaj kunuloj elverŝis en la horo de certa morto.

Princo Mihdí-Qulí Mírzá, kiu estis sn Sárí, bonvenigis kun ega ĝojo la novaĵon pri la malvenko, kiu atingis la militistarojn sub la senpera komando de lia kolego `Abbás-Qulí Khán. Kvankam mem dezirplena ekstermi la anaron, kiu rifuĝis malantaŭ la murojn de la fortikaĵo, li ĝojis scii, ke lia konkuranto malsukcesis akiri la triumfon, kiun li deziregis.[386] Li skribis tuj al ṭihrán kaj postulis, ke plifortigoj en la formo de bomboj kaj kamelartilerio, kun ĉiuj necesaj ekipaĵoj, estu senditaj senprokraste al la ĉirkaŭaĵo de la fortikaĵo, ĉar li decidis tiun ĉi fojon efektivigi la tutan venkon de ĝiaj obstinaj okupantoj.

Dum iliaj malamikoj pretiĝis por ankoraŭ alia kaj pli furioza atako sur ilian fortikaĵon, la kunuloj de Quddús, tute indiferentaj pri la mordetanta malfeliĉo, kiu estis afliktanta ilin, aklamis ĝoje kaj dankeme la alproksimiĝon de Naw-Rúz. Dum tiu festo ili libere eligis sentojn de danko kaj laŭdo pro la multoblaj benoj, kiujn la Plejpotenculo donacis al ili. Kvankam subpremitaj de malsato, ili sin dediĉis al kantado kaj gajeco, tute malestimante la danĝeron, kiu persekutis ilin. La fortikaĵo resonadis pro la atribuoj de gloro kaj laŭdo, kiuj tage kaj nokte supreniris el la koroj de tiu ĝoja anaro. La verso, “Sankta, sankta, estas la Sinjoro nia Dio, la Sinjoro de la anĝeloj kaj le spirito,” aŭdiĝis senĉese el iliaj lipoj, plialtigis ilian entuziasmon, kaj revivigis ilian kuraĝon.

Ĉio, kio restis el la brutaro, kiun ili kunportis al la fortikaĵo, estis bovino, kiun ḥájí Naṣíru’d-Dín-i-Qazvíní konservis, kaj el kies lakto li kuiris pudingon ĉiutage por la tablo de Quddús. Nevola malindulgi al siaj malsategaj amikoj la frandaĵon, kiun lia sindona kunulo kuiris por li, Quddús, post kiam li partoprenis kelkajn plenkuleretojn de tiu manĝaĵo, ĉiam disdonis la ceteron inter ili. “De post la foriro de Mullá ḥusayn”, oni ofte aŭdis lin rimarkigi, “mi ĉesis ĝui la manĝaĵojn kaj trinkaĝojn, kiujn oni kuiras por mi. Mia koro sangadas, kiam mi vidas miajn malsategajn kunulojn ellacigitaj kaj forkonsumiĝintaj ĉirkaŭ mi.” Spite de ĉi tiuj malfavoraj cirkonstancoj, li senĉese daŭris pli klarigi en sia komentario la signifon de la ṣád de ṣamad, kaj kuraĝigi siajn amikojn persisti eĉ ĝis la fino en siaj heroaj penadoj. Matene kaj vespere, en la ĉeesto de la kuniĝintaj kredantoj, Mírzá Muḥammad-Báqir ĉiam psalmokantis versojn el tiu komentario, kies legado vivigis ilian entuziasmon kaj limigis iliajn esperojn.

Mi aŭdis Mullá Mírzá Muḥammad-i-Furúghíon atesti la jenon: “Dio scias, ke ni ĉesis malsati. Niaj pensoj ne estis plu pri aferoj rilatantaj nian ĉiutagan panon. Ni tiel raviĝis pro la rava melodio de tiuj versoj, ke, eĉ se ni daŭrus dum jaroj en tia stato, nenia signo de enuo aŭ laceco malpliigus nian entuziasmon aŭ difektus nian ĝojon. Kaj kiam ajn manko de manĝaĵoj emus subfosi nian vivoforton aŭ malfortigi nian forton, Mírzá Muḥammad-Báqir rapidis al Quddús kaj sciigis al li nian staton. Ekvido de lia vizaĝo, la magio de liaj vortoj, dum li iris inter ni, ĉiam aliecigis nian malesperon en oran ĝojon. Ni estis plifortigitaj per tiel ega forto, ke, eĉ se la armeoj de niaj malamikoj aperus neatendite antaŭ ni, ni sentis nin kapablaj venki iliajn militistarojn.”

En la tago Naw-Rúz, kiu okazis la dudek kvaran de Rabí`u’th-Thání en la jaro 1265 p.H.,[387] en skribita komuniko al siaj kunuloj, Quddús aludis al la alproksimiĝo de tiaj suferoj, kiaj okazigus martirigon de sufiĉe granda nombro el liaj amikoj. Kelkajn tagojn poste, sennombra armeo,[388] sub komando de princo Mihdí-Qulí Mírzá[389] kaj subtenata de la kuniĝintaj militistaroj de Sulaymán Khán-i-Afshár, de `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjání, kaj de Ja’far-Qulí Khán, helpataj de ĉirkaŭ kvardek aliaj oficiroj, entendiĝis en la ĉirkaŭaĵo de la fortikaĵo, kaj komencis konstrui serion de tranĉeoj kaj barikadoj en ĝia proksimeco.[390] La naŭan tagon de la monato Bahá,[391] la komanda oficiro ordonis al la estrantoj de lia

---

[386] “Mihdí-Qulí Mírzá iom miris. Ne okazis tiel, kiel li atendis. Sed, őiel konsiderate, tio, kio impresis lin pli, estis, ke la Sardár povis esti konsiderata tiel venkita, kiel li, kaj ői tiu konsidero, akompanata de őiuj konsekvencoj konsolaj por lia memestimo, igis la aferon tre agrabla al li. Ne nur ne timis li plu, ke unu el liaj vicestroj povos akiri enviindan gloron pro tio, ke li kaptis la kastelon de la babanoj, sed ankaů ne estas nur li, kiu malkukcesis. Li havas kunsuferanton, kunulon, kiun li esperegis igi respondeca pri ambaů malvenkoj. Tre kontenta, li kunvenigis siajn őefojn grandajn kaj malgrandajn, kaj informis al ili la novaŕon, bedaůregante, kompreneble, la malăojan sorton de la Sardár, kaj arde dezirante, ke estonte ői tiu vigle kuraăa soldato estu pli feliőa.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.179.)

[387] 1849 p.Kr.

[388] “La princo disdonis al őiu la postenojn gardotajn dum la plivastiăo de ői tiu enferma őirkaůsieăo; li komisiis la provizumadon de la militistaro al ḥájí Ňľán Núrí kaj Mírzá `Abdu’lláh Navayy. Kiel őefajn oficirojn li elektis la Sardáron `Abbás-Qulí Ňľán-i-Laríjaní, al kiu, de post tiels ioma sukceso, li sentis pli da intereso; poste Naṣru’lláh Ňľán-i-Bandibíon, alia triba őefo, kaj Muṣṭafá Ňľánon de Ašľraf, al kiu li donis komandecon super la kuraăajn tufang-čľíojn de ői tiu urbo kaj super la surítanojn Aliaj sinjoroj malpli konsiderindaj komandis la homojn de Búdánkih kaj de Bálá-Rastáq, kiel ankaů certan nombron da turkaj kaj kurdaj nomadoj, kiuj ne estis enkalkulitaj en la anaroj de la grandaj őefoj. Al ői tiuj turkaj kaj kurdaj nomadoj estis precipe komisiitaj gardon de la malamiko. Oni ekkonsentis, post tiel multaj travivaŕoj, ke ne estus malbone gardi sin iom pli multe, ol estinte. Turkoj kaj kurdoj estis do komisiitaj ne perdi el la okuloj, őu tage őu nokte, tion, kio okazas őe la malamiko, kaj daůre kaěobservi tiel, ke ili antaůmalhelpu surprizojn.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.180-81.)

[389] “Tamen Mihdí-Qulí Mírzá volis kunigi al la malmodernaj rimedoj iom da moderna elpenso por nenion preterlasi, kaj li havigis el ṭihrán du kanonojn kaj du bombokanonojn kun necesa municio. Li akiris samtempe helpon de homo el Hirát, kiu havis sekreton pri eksplodema substanco, kiu, ekbruligita, antaůenŕetis sin sep cent metrojn kaj brulegigis őion. Oni provis ăin, kaj la rezultatoj estis kontentigaj. Ői tiu kunmetaŕo estis ekŕetita en la kastelon, kaj ăi tie flamigis kaj baldaů cindrigis őiujn loăejojn lignajn, kanajn, kaj pajlajn, kiujn la babanoj konstruis interne, őu en la korto, őu sur la remparo. Dum okazis ői tiu detruo, ola bobmoj kaj la kuglegoj ekŕetitaj de la bombokanonoj sufiőe multe difektis masonaŕon, kiu estis rapide konstuita de homoj, kiuj ne estis arűitekturistoj, kaj certe ne inăenieroj, kaj kiuj ne sonăis, ke oni povus veni ataki ilin per artilerio. Post nelonge, la kastelo estis senremparigita; restis nur frakasiăintaj traboj por la fajro, restaŕoj el ligno nigrigitaj kaj fumiăantaj, amaso de renversegitaj ětonoj.” (ibid. pp.181-2.)

[390] “Kiam tiuj ői antaůzorgoj estis aranăitaj, oni elfosis kavojn kaj tranőeojn por tien lokigi tufan-chiojn, kiuj ricevis ordonon pafi sur őiujn babanojn, kiuj montriăus. Oni konstruis grandajn turojn, kiuj egalis kaj eő superis la altecon de la diversaj etaăoj de la fortikaŕo, kaj, per daůra pafado desupra, oni igis ankoraů pli malfacila al la malamikoj rondiri sur siaj remparoj aů transiri eő la internan korton. Estis sufiőe bona supereco. Sed post kelkaj tagoj la babanaj őefoj, profitante la longecon de la noktoj, plialtigis siajn defendilojn tiel, ke la turoj de atako troviăis malsuperaj.” (Ibid., p.181.)

artilerio, ke ili ekpafu en la direkton de la sieĝatoj. Dum la bombardado, Quddús elvenis el sia ĉambro kaj iris al la mezo de la fortikaĵo. Lia vizaĝo lumis pro rideto, kaj lia sintenado elspiris plajan trankvilecon. Dum li estis transiranta la plankon, kuglego falis subite antaŭ lin. “kiel tute nesciantaj”, li trankvile rimarkigis, dum li rulis ĝin per la piedo, “estas ĉi tiuj fanfaronaj atakantoj pri la potenco de la venĝa kolerego de Dio! Ĉu ili forgesis, ke kreitaĵo tiel sensignifa, kiel kulo, kapablis mortigi la ĉiopovan Nimrodon? Ĉu ili ne aŭdis, ke la muĝado de la ventego sufiĉis por detrui la homojn de `Ád kaj Thamúd, kaj neniigi iliajn militistarojn? Ĉu ili deziras timigi la heroojn de Dio, al kiuj la pompo de reĝeco estas nur vanta ombro, per tiaj malestimindaj signoj de sia krueleco?” “Vi estas”, li aldiris, rurnante sin al siaj amikoj, “tiuj samaj kunuloj, pri kiuj Mahometo, la Apostolo de Dio, tiel parolis: ‘Ho, kiel mi sopiras vidi la vizaĝojn de miaj fratoj; miaj fratoj, kiuj aperos ĉe la mondfino! Benitaj estas ni, benitaj estas ili; pli granda estas ilia beniteco, ol nia.’ Atentu, por ke vi ne lasu la enfiltriĝojn de egoismo kaj deziro difekti tiel gloran rangon. Ne timu la nimacojn de la malvirtuloj, nek konsterniĝu pro la bruegado de la malpiuloj. Ĉiu el vi havas sian difinitan horon, kaj kiam tiu tempo venos, nek la atakoj de via malamikaro nek la penadoj de viaj amikoj kapablos aŭ malakceli aŭ rapidigi tiun horon. Eĉ se la fortoj de la tero interligiĝos kontraŭ vi, ili estos senpovaj, antaŭ ol tiu horo sonoros, malpliigi je unu joto aŭ pukteto la daŭron de via vivo. Se vi permesos viajn korojn maltrankviliĝi eĉ momente pro la profunda sono de ĉi tiuj pafiloj, kiuj kun pliiĝanta furiozo daŭros superŝuti per siaj kugloj tiun ĉi fortikaĵon, vi estos elĵetintaj vin el la fortikaĵo de Dia protaktado.”

Tiel potenca peto nepre igis konfidaj la korojn de tiuj, kiuj aŭdis ĝin. Tamen, oni vidis kelkajn, kies vizaĝoj evidentigis ŝanceliĝon kaj timon, kunamasiĝintaj en ŝirmata angulo de la fortikaĵo, kaj ili rigardis envie kaj surprize la fervoron, kiu vivigis iliajn kunulojn.[392]

La armeo de princo Mihdí-Qulí Mírzá daŭris pafi dum kelkaj tagoj en la direkton de la fortikaĵo. Liaj soldatoj miris, kiam ili trovis, ke la profunda sono de iliaj pafiloj malsukcesis silentigi la voĉon de preĝo kaj la aklamadojn de ĝojo, kiujn la sieĝatoj laŭtigis responde al iliaj minacoj. Anstataŭ senkondiĉa cedo, kiun ili atendis, la voko de la muezino,[393] la psalmokantado de la versoj el la Korano, kaj la ĥoro de ĝojaj voĉoj kantoparolantaj himnojn de dankemo kaj laŭdo senĉese atingis iliajn orelojn.

Kolerega pri ĉi tiuj signoj de neforigebla fervoro, kaj instigita de arda deziro estingi la entuziasmon, kiu ondadas interne de la brustoj de siaj kontraŭuloj, Ja’far-Qulí Khán konstruis turon, sur kiun li starigis siajn kanonojn,[394] kaj de sur tiu altaĵo direktis sian pafadon en la mezon de la fortikaĵo. Quddús tuj alvokis Mírzá Muḥammad-Báqiron kaj enstrukciis al li ekeliri denove kaj suferigi sur la “fanfaroneman noveveninton” malhonoron, kiu ne estu malpli subprema, ol tiu, kiun `Abbás-Qulí Khán suferis. “Li sciu”, li aldiris, “ke la leonkoraj batalantaj de Dio, kiam ili estas premegataj kaj pelataj de malsato, povas montri farojn tiel heroajn, kiujn neneaj ordinaraj mortemuloj povas montri. Li sciu, ke ju pli granda estas ilia malsato, des pli ruinigigaj estos la efikoj de ilia kolerego.”

Mírzá Muḥammad-Báqir denove ordonis al dekok el siaj kunuloj, ke ili rapidu al siaj ĉevaloj kaj sekvu lin. La pordoj de la fortikaĵo estis ekmalfermitaj, kaj la krio “Yá ṣáḥibu’z-Zamán!” – pli furioza kaj pli ekscita ol iam – dissemis panikon kaj konsternon en la vicojn de la malamikaro. Ja’far-Qulí Khán kun tridek el siaj soldatoj mortfalis pro la glavo de sia kontraŭulo, kiu kuregis al la turo, kaptis la pafilojn, kaj terenĵetegis ilin Tiam ili ĵetis sin sur la barikadon, kiun ili konstruis, detruis multajn, kaj se ne estus pro la alproksimiĝanta mallumo, ili estus kaptintaj kaj detruintaj la ceterajn.

---

[391] La naůa tago post Naw-Rúz.

[392] “Foje kelkaj el ili ja eliris provi akiri iom da teo kaj sukero por Jináb-i-Quddús. La plej konata el ői tiuj estis Mullá Sa’íd el Zarkanád. Nu li estis viro tiel klera pri scienco, ke, kiam certaj kleruloj el la parencaro de Mullá Muḥammad-Taqí de Núr skribis al Jináb-i-Quddús certajn demandojn rilate al scorőaro kaj astrologio, ői tiu diris al Mullá Sa’íd: ‘Vi rapide skribu al ili mallongan kaj resuman respondon, por ke ilia sendito ne devu atendi, kaj pli detala respondo estos skribita poste.’ Do Mullá Sa’íd, kvankam rapidigita pro la őeesto de la sendito, kaj konfuzita pro la tumulto de la sieăo, tamen rapide skribis plej elokventan respondon, en kiu, respondante la demandojn faritajn, li enkondukis preskaů cent bone aůtentikigitajn tradiciojn pri la vero de la nova Malkaěo de la promesita Pruvo, krom kelkaj, kiuj antaůsignis la halton proksime al ṭabarsí de tiuj, kiuj kredis je la Sinjoro, kaj ilian martiriăon. La kleruloj de Núr miregis supermezure pri lia erudicio, kaj diris: ‘Veramo devigas nin konfesi, ke tia prezentado de ői tiuj aferoj estas granda miraklo, kaj ke tiaj erudicio kaj elokventeco superas la Mullá Sa’ídon, kiun ni konis. Certe ői tiu talento estas donacita al li de la őielo, kaj li siavice malkaěis ăin al ni.’ Nu Mullá Sa’íd kaj liaj kunuloj, dum ili estis ekster la kastelo, estis kaptitaj de la reăa soldataro, kaj estis kondukitaj de ili antaů la princon. La princo őiel strebis eltiri el ili ian informon pri la stato de la babana garnizono, ilia nombro, kaj la kvanto de ilia municio; sed, kiel ajn li penis, li povis nenion gajni. Do, kiam li vidis, ke Mullá Sa’íd estas viro talentplena kaj komprenema, li diris al li: ‘Pentu, kaj mi liberigos vin kaj ne mortigos vin.’ Al ői tio Mullá Sa’íd respondis: ‘Neniam oni pentis pri obeado al la ordono de Dio: kial do mi faru tiel? Plivole pentu vi, kiu agas kontraů Lia bonplaőo, kaj pli malbone, ol iu ajn faris ăis nun.’ Kaj li parolis multe pli tiamaniere. Do fine oni sendis lin katenigitan al Sárí, kaj tie mortigis lin en cirkonstancoj de pleja krueleco, kune kun liaj kunuloj, kiuj ěajne nombris kvin.” (“Táriňľ-i-Jadíd”, pp.79-80.)

[393] Vidu la Glosaron.

[394] “Tiamaniere ői tiu starigis kvar turojn őiuflanke de la kastelo, kaj konstruis ilin tiel altaj, ke ili povis superrigardi per siaj pafiloj la internaŕon de la fortikaŕo, kaj fari la garnizonon celo por siaj kugloj. Tiam la kredantoj, tion vidinte, ekfosis subterajn trairejojn kaj refuăis tien. Sed la tero de Mázindarán kuěas proksime al la akvo kaj estas saturita de malseko, krom tio, daůre pluvis, kaj tio pliigis la difekton, do ői tiuj kompatindaj suferantoj vivis meze de koto kaj akvo ăis iliaj vestoj putriăis pro malseko... Kiam ajn unu el iliaj kamaradoj trinkegis la trinkaŕon de martireco antaů ili, anstataů funebri ili ăojis. Do ekzemple, foje bombo falis sur tegmenton de kabano, kiu ekbruliăis. Šľayňľ ṣáliḥ el Šľíráz iris estingi la fajron, Kuglo trafis lian kapon kaj frakasis lian kranion. Eő dum ili estis levantaj lian kadavron, dua kuglo froigis la manon de áqá Mírzá Muḥammad-`Alí, filo de Siyyid Aḥmad, kiu estis patro de áqá Siyyid ḥusayn, ‘la amato’. Tiel ankaů áqá Siyyid ḥusayn, ‘la amato’, infano dekjara, estis mortigita antaů la okuloj de sia patro, kaj li fulfalis en koton kaj sangon, kaj liaj membroj trmetis kiel tiuj de duonmortigita birdo.” (“Tarikh-i-Jadid” pp.81-3.)

Triumfaj kaj nevunditaj, ili iris al la fortikaĵo, kondukantaj reen kun si nombron de la plej grasaj kaj plej bone paŝtitaj virĉevaloj postlasitaj. Kelkaj tagoj pasis, dum kiuj estis nenia signo de kontraŭatako.[395] Neatendita eksplodo en unu el la municiaj provizejoj de la malamikaro, kiu kaŭzis la morton de kalkaj artileriaj oficiroj kaj nombro da iliaj kunbatalantoj, devigis ilin dum unu tuta monato provizore haltigi siajn atakojn kontraŭ la garnizono.[396] Ĉi tiu paŭzo ebligis al kelkaj el la kunuloj elveni diversfoje el sia fortikaĵo kaj kolekti la herbojn, kiujn ili povis trovi en la kampo, kiel la solan rimedon, per kiuj moderigi sian malsaton. Ĉevalviando, eĉ la ledo de iliaj seloj, estis formanĝataj ce ĉi tiuj subpremegitaj kunuloj. Ili bolis la herbojn kaj manĝegis ilin kun kompatelveka avideco.[397] Dum ilia forto malpliiĝis, dum ili malfortiĝis ellacigitaj interne de la muroj de sia fortikaĵo, Quddús plioftigis siajn vizitojn al ili, kaj penis per siaj vortoj de kuraĝo kaj espero plimalpezigi la ŝarĝon de ilia angoro.

La monato Jamádíy'th-Thání[398] ĵus komenciĝis, kiam oni denove aŭdis la artilerion de la malamiko superŝuti la fortikaĵon per siaj kugloj. Samtempe kun la profunda sono de la kanonoj, taĉmento de la armeo, estrita de oficiraro kaj konsistanta el pluraj regimentoj de infanterio kaj kavalerio, rapidegis atakegi ĝin. La sono de ilia alproksimiĝo instigis Quddúson alvoki tuj sian bravan vicestron, Mírzá Muḥammad-Báqir, kaj ordoni al li eliri kun tridek ses el siaj kunuloj kaj repuŝi ilian atakon. "Neniam de post nia ekokupo de ĉi tiu fortikaĵo" li aldiris, "ni iel provis direkti ian ofensivon kontraŭ niaj kontraŭuloj. Ĝis ili eligis sian atakon sur nin, ĝis tiam ni ne leviĝis defendi niajn vivojn. Se ni estus gardantaj la ambidion faradi sanktan militon kontraŭ ili, se ni estus kaŝintaj malplejan intencon atingi superecon per la potenco de niaj armiloj super la nekreduloj, ni ne restus ĝis hodiaŭ sieĝataj interne de ĉi tiuj muroj. La forto de niaj armiloj, kiel estinte okazis al la kunuloj de Mahometo, estus nun konvulsiiginta la naciojn de la tero kaj pretiginta ilin por la akcepto de nia Revelacio. Tamen, tiu ne estas la vojo, laŭ kiu ni elektis iri. De la tempo, kiam ni venis al tiu ĉi fortikaĵo, nia sola, nia neŝanĝebla celo estis pravigi, per niaj faroj kaj per nia preteco verŝi nian sangon sur la vojo de nia Kredo, la altan karakteron de nia misio. La horo rapide alproksimiĝas, kiam ni povos fini tiun ĉi taskon."

Mírzá Muḥammad-Báqir denove eksurseliĝis kaj, kun la tridek ses kunuloj, kiujn li elektis, kontraŭstaris kaj disigis la militistaron, kiu ĉirkaŭis lin. Reeniranta tra la pordo, li portis kun si la standardon, kiun timegigita malamiko postlasis, tuj kiam la resonada krio "Yá Ṣáhibu's-Zamán!" estis laŭtigita. Kvin el liaj kunuloj suferis martiriĝon dum tiu batalo, kiujn ĉiujn li portis al la fortikaĵo kaj enterigis en unusaman tombon proksime al la ripozejo de iliaj mortfaligitaj fratoj.

Princo Mihdí-Qulí Mírzá, miregigita de ĉi tiu plia signo de la neelĉerpebla vivoforto de siaj kontraŭuloj, konsiliĝis kun sia oficistaro, instigante ilin elpensi tiajn rimedojn, kiuj ebligus al li rapide ĉesigi tiun multekostan entreprenon. Tri tagojn li konsiliĝis kun ili, kaj fine decidis, ke la plej konsilinda solvo estus interrompi dum kelkaj tagoj ĉiujn malamikaĵojn, esperante, ke la sieĝatoj, ellacigitaj de malsato kaj pikinstigitaj de malespero, decidos elveni el sia rifuĝejo kaj submetiĝos al senkondiĉa cedo.

Dum la princo estis atendanta la kompletigon de la plano, kiun li elpensis, alvenis el Ṭihrán sendito portanta al li farmánon[399] de sia suvereno. Ĉi tiu viro estis loĝanto de la vilaĝo Kand, loko proksima al la ĉefurbo. Li sukcesis havigi al si permeson de la princo eniri la fortikaĵon kaj provi inklinigi du el ĝiaj okupantoj, Mullá Mihdí kaj lia frato Mullá Báqir-i-Kandí, ke ili forkuru el la minacanta danĝero, al kiu iliaj vivoj estas subigitaj. Alproksimiĝinte al ĝiaj muroj, li vokis la gardostarantojn kaj petis ilin informi al Mullá Mihdíy-i-Kandí, ke konato lia deziras vidi lin. Mullá Mihdí raportis la aferon al Quddús, kiu permesis al li renkonti sian amikon.

---

395 "Tio daŭris kvar monatojn; ankaŭ la ĉaho ekiĝis senpacienca; la babana sukceso flamigis lian koleron, kiun li ellasis en la jenaj vortoj, laŭ la persa historiisto: 'Ni opiniis, ke nia armeo enirus senhezite en akvon kaj en fajron, ke sentime ili batalus kontraŭ leono kaj baleno. Ni sendis ilin batali kontraŭ areto da malfortaj kaj senpovaj viroj, kaj ili nenion faras! Ĉu la altranguloj de Mázindarán opinias, ke tiaj prokrastoj estas plaĉaj? Ĉu ili lasas la brulegon plivastiĝi por ke ilia sukceso pligrandiĝu? Nu ili sciu, ke mi agos tiel, kvazaŭ Alláh ne kreis Mázindáránon, kaj mi elekstermos ĉiujn ĝiajn loĝantojn.'" ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 322.)

396 "La sieĝo daŭris kvar monatojn, kaj oni ne faris rimarkeblan progreson. La originaj remparoj estis renversfaligitaj; sed kun inda energio la babanoj anstataŭigis ilin per aliaj, kaj tage kaj nokte rebonigis kaj pligrandigis ilin. Oni ne povis antaŭvidi la finon de ĉi tiu afero, tiom malpli, kiel mi ĵus rakontis, ĉar Mázindarán jam ne estis la sola parto de Persujo, kie la adeptoj de la nova religio montris tiel terurajn pruvojn pri sia kredo, pri sia fervoro kaj pri sia sentimo. La reĝo kaj la ĉefministro, maltrankvilaj pro tia situacio, ekflamigis sian koleron kontraŭ la ĉefoj senditaj de ili. Oni ne kontentiĝis riproĉante ilin en plej amaraj vortoj pri ilia nekapablo, oni minacis ilin kaj ĉiujn loĝantojn de la provinco, ke, se la afero ne estos finita rapidege, ili estos traktitaj kiel la babanoj. Tuj post tio la komando estis forprenita de Mihdí-Qulí Mírzá kaj komisiita al la Afshárano Sulaymán Ḳhán, viro de konata firmeco kaj granda influo, ne nur en sia propra tribo, kiu estis unu el la plej noblaj de Persujo, sed ankaŭ inter ĉiuj militistoj, kiuj konis kaj ege estimis lin. Li ricevis nepre pli severajn instrukciojn." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp. 183-4.)

397 Abud'l-Bahá aludas, en "Memoraĵoj de la Kredantoj" (pp.16-17), al la malfacilaĵoj kaj suferadoj, kiuj travivis la heroaj defendantoj de la fortikaĵo de Shayḳh Ṭabarsí. Li arde laŭdas la konstantecon, la fervoron kaj kuraĝon de la sieĝatoj, kaj precipe mencias Mullá Ṣádiq-i-Muqaddason. "Dekok tagojn", Li diras, "ili restis sen manĝaĵoj. Ili manĝis la ledon de siaj ŝuoj. Ĉi tio ankaŭ estis formanĝita, kaj nenio restis al ili krom akvo. Ili trinkis plenbuŝon ĉiumatene, kaj kuŝis malsategaj kaj ellacigitaj en sia fortikaĵo. Tamen, kiam ili estis atakataj, ili tuj ekstaris kaj elmontris al la malamiko grandan kuraĝon kaj mirigan reziston... Sub tiaj cirkonstancoj estas ege malfacile daŭrigi neŝanceliĝan kredon kaj esti pacienca estas ege malfacile, kaj travivi tiajn terurajn afliktojn estas malofta fenomeno." "Tiuj, kiuj restis firmaj, formanĝis ne nur siajn lastajn manĝaĵojn, sed la malmultajn herbojn kaj la tutan ŝelon de la arboj, kiujn ili povis kolketi en sia ĉirkaŭaĵo. Restis al ili la ledo de siaj glavrimenoj kaj siaj sabroingoj. Ili turnis sin ankaŭ al la provizora rimedo foje montrita de la hispana ambasadoro al la sieĝataj liganoj en parizo. Ili disfrakasis mortostojn kaj faris el ili ian farunon. Fine, malpaciencegaj, ili decidis ian sakrilegion, La ĉevalo de Mullá Ḥusayn mortis pro vundoj, kiujn ĝi ricevis en tiu multmorta nokto, kiam ĝia posedanto mortfalis. La babanoj enterigis ĝin pro respekto al la memoro de sia sanktulo, kaj kelkaj radioj de lia gloro, iom de la profunda respektego, kiun li inspiris, sur la tombon de la kompatinda besto. Milita konsilantaro kuniĝis kaj, bedaŭregante la neceson diskuti tiajn temojn, ekinterkonsiliĝis por sciiĝi, ĉu la troa mizerego povus permesi la kredantojn elterigi la sanktan ĉevalon kaj fari el ĝi nutraĵon. Kun akra doloro oni dekretis, ke la ago estus pardoninda. Oni do elterigis ĝin, oni disdividis la pecaĉojn de la ĉevalo, kaj kuirinte ilin kun la ostofaruno, oni manĝis ilin, poste oni denove dau1rigis la pafadon." (Ibid. pp.186-7.)

398 24. Aprilo – 23. Majo, 1849 p.Kr.

399 Vidu la Glosaron.

Mi aŭdis Áqáy-i-Kalímon rakonti la jenon, kiel rakontis ĝin al li tiu sama sendito, kiun li renkontis en ṭihrán: "'Mi vidis', la sendito informis min, 'Mullá Mihdíon aperi super la muron de la fortikaĵo, dum lia vizaĝo evidentigis nepriskribeblan esprimon de severa decido. Li aspektis tiel furioza, kiel leono., lia glavo estis surzonita ĉirkaŭ longa blanka ĉemizo laŭ la maniero de la araboj, kaj li portis blankan kaptuketon. "Kion vi deziras?" li malpacience demandis. "Diru ĝin rapide, ĉar mi timas, ke mia majstro alvokos min kaj trovos min for!" La decideco ardanta en liaj okuloj konfuzis min. Mi konfuziĝis pro liaj aspekto kaj mieno. Subite venis al mi ideo, ke mi povus veki dormantan senton en lia koro. Mi rememorigi lin pri lia infaneto Raḥmán, kiun li postlasis en la vilaĝo en sia avideco varbiĝi sub la standardon de Mullá ḥusayn. En sia granda korinklino por la infano, li speciale verkis poemon, kiun li kantis dum li lulis lian lulilon kaj endormigis lin. "Via amata Raḥmán", mi diris, "sopiras al la korinklino, per kiu vi foje superŝutegis lin. Li estas sola kaj forlasita, kaj sopiras vidi vin." "Diru al li de mi", estis la tuja respondo de la patro, "ke la amo de la vera Raḥmán[400], amo, kiu superegas ĉiujn surterajn korinklinojn, tiel plenigis mian koron, ke ĝi lasis nenian lokon por ia ajn amo, krom Lia." La korŝireco, kun kiu li eldiris tiujn ĉi vortojn, larmplenigis miajn okulojn. "Malbenitaj", mi indigne ekkriis, "estu tiuj, kiuj konsideras vin kaj viajn kundisĉiplojn erarvagintaj de la vojo de Dio!" "Kio okazos", mi demandis al li, "se mi kuraĝos eniri la fortikaĵon kaj kuniĝi kun vi?" "Se via motivo estos serĉi kaj trovi la Veron," li trankvile respondis, "mi ĝoje montros al vi la vojon. Kaj se via deziro estas viziti min kiel malnovan kaj vivdaŭran amikon, mi montros al vi tian bonvenon, pri kiu la Profeto de Dio parolis: 'Bonvenigu viajn gastojn eĉ se ili estas senkreduloj.' Fidela al tiu ordono, mi proponos al vi la boligitajn herbojn kaj la disfrakasitajn ostojn, kiuj servas kiel mia nutraĵo, la plej bona, kiun mi povas havigi por vi. Sed se via intenco estos malutili min, mi avertas vin, ke mi defendos min kaj terenĵetegos vin de sur ĉi tiuj altaj muroj." Lia neflankiĝanta obstino konvinkis min pri la vaneco de miaj penoj. Mi povis senti, ke flamigis lin tia entuziasmo, ke eĉ se la teologoj de la regno kuniĝus kaj penus malkonsili al li la vojon, laŭ kiu li elektis iri, sola kaj nehelpita li malsukcesigus iliajn penojn. Kaj ĉiuj potenculoj de la tero, mi konvinkiĝis, ne sukcesus forlogi lin de la Amato de lia kordeziro. "La pokalo", mi sentis min instigita diri, "kiun viaj lipoj gustumis, portu al vi ĉiujn benojn, kiujn vi serĉas." "La princo", mi aldiris, "ĵurpromesis, ke, kiu ajn eliros el ĉi tiu fortikaĵo, tiu estos protektata de danĝero, ke li eĉ ricevos sendanĝeran vojaĝon de li kiel ankaŭ ĉiujn bezonotajn vojaĝelspezojn al sia hejmo." Li promesis transdoni la komunikon de la princo al siaj kunuloj. "Ĉu estas io alia, kiun vi deziras diri al mi?" li aldiris. "Mi malpacience deziras kuniĝi kun mia majstro." "Dio helpu vin," mi respondis, "plenumi vian celon." "Li ja halpis min!" li ekkriis ĝojego. "Kiel alimaniere mi povus esti liberigita el la mallumo de mia mallibereja hejmo en Kand? Kiel mi pobus atingi tiun ĉi laŭdegatan fortikaĵon?" Tuj kiam li eldiris tiujn ĉi vortojn, li deturnis la vizaĝon de mi kaj malaperis de antaŭ mi.'"

Tuj kiam li kuniĝis kun siaj kunuloj, Mullá Mihdí konigis al ili la komunikon de la princo. En la posttagmezo de tiu sama tago, Siyyid Mírzá ḥusayn-i-Mutávallí, akompanata de sia servanto, forlasis la fortikaĵon kaj tuj iris kuniĝi kun la princo en lia tendejo. La sekvintan tagon Rasúl-i-Bahnimírí kaj kelkaj aliaj el liaj kunuloj, senpovaj rezisti la ruinigojn de malsatego, kaj kuraĝigitaj de la klaraj certigoj de la princo, malĝoje kaj nevoleme disiĝis de siaj amikoj. Tuj kiam ili elpaŝis el la fortikaĵo, ili estis mortigitaj ĉe ordono de `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní.

Dum la kelkaj tagoj, kiuj pasis post tiu okazaĵo, la malamiko, ankoraŭ entendiĝinta proksime al la fortikaĵo, detenis sin de ia malamikaĵo kontraŭ Quddús kaj liaj kunuloj. Merkredon matene, la deksesan de Jamádíyu'th-Thání,[401] sendito de la princo alvenis al la fortikaĵo kaj petis, ke du reprezentantoj estu deligitaj de la sieĝatoj por konfidencie traktadi kun ili, en la espero atingi pacan kompromison de la nedeciditaĵoj inter ili.[402]

Quddús do instrukciis al Mullá Yúsúf-i-Ardibílí kaj Siyyid Riday-i-Khurásání, ke ili agu kiel liaj reprezentantoj, kaj ordonis al ili informi la princon pri lia preteco konsenti al ties deziro. Mihdí-Qulí Mírzá ĝentile akceptis ilin, kaj invitis ilin partopreni la teon, kiun li pretigis. "Ni sentus", ili diris, malakceptante lian proponon, "ke estus ago mallojala niaflanke, se ni partoprenus aŭ manĝaĵon aŭ trinkaĵon dum nia amata ĉefo malfortiĝas ellacigita kaj malsatega en la fortikaĵo." "La malamikaĵoj inter ni", la princo rimarkigis, "estas tro plilongigitaj. Ni ambaŭflanke batalis longe kaj suferis dolorige. Estas mia fervora deziro atingi amikecan kompromison de niaj malpaciĝoj." Li prenis apudkuŝantan ekzemplenon de la Korano, kaj propramane skribis, kiel certigon de sia deklaro, la jenajn vortojn sur la marĝenon de la unua Súrih: "Mi ĵuras je ĉi tiu plej sankta Libro, je la justeco de Dio, ku revelaciis ĝin, kaj la Misio de Tiu, kiu estis inspirita de ĝiaj versoj, ke mi havas nenian intencon krom iniciati pacon kaj amikecon inter ni. Elvenu el via fortikaĵo kaj estu certaj, ke nenia mano estos levita kontraŭ vi. Vi mem kaj viaj kunuloj, mi solene deklaras, estas sub la ŝirmanta protektado de la Plejpotenculo, de Mahometo, Lia Profeto, kaj de ŝaho Náṣiri'd-Dín, nia suvereno. Mi promesas je mia honoro, ke niniu, ĉu en ĉi tiu armeo aŭ en ĉi tiu ĉirkaŭaĵo, iam provos ataki vin. La malbeno de Dio, la ĉiopova Venĝanto, estu sur mi se en mia koro mi kaŝas ian ajn deziron krom tiu, kiun mi deklaris."

Li afliksis sian sigelon al sia deklaro kaj, transdonante la Koranon al Mullá Yúsuf, petis lin saluti sian ĉefon de li kaj prezenti al li tiun ĉi formalan kaj skribitan certigon. "Sekve de mia deklaro", li aldiris, "eĉ en ĉi tiu posttagmezo mi

---

[400] Aludo al Dio, la vorto Raḥmán signifas "kompatema".

[401] 9. Majo, 1849 p.Kr.

[402] "Ői tiu malgajiga kaj senesperiga kuraăo, ői tiu nevenkebla fervorego, ői tiu tute malcedema entuziasmo, serioze pensigis la őefojn de la imperia armeo. Malesperante sukcesi eniri perforte tra la defendilij, de kiuj ili estis tiel ofte repuĕitaj, ili pripensis ruzon. La princo estis kompreneble ruzema; kaj Sulaymán Ňľán-i-Afšľár, sendita lastvice de la ĕaho por kontroli la militajn movojn, instigis tion per la tuta forto, ekpensante, ke pli longa prokrasto danăerigus lian sukceson kaj lian vivon." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 325.)

ekspedos al la pordo de la fortikaĵo ĉevalaron, kiun mi esperas, ke li kaj liaj ĉefaj kunuloj akceptos por rajdi al la proksimeco de ĉi tiu tendejo, kie speciala tendo estos starigita por ilia akcepto. Mi petus ilin esti jiaj gastoj, ĝis kiam mi povos aranĝi ilian hejmeniron, je mia veturpago."

Quddús ricevis la Koranon de sia sendito, kisis ĝin respektege kaj diris: "Ho nia Sinjoro, decidu inter ni kaj inter nia popolo verece; ĉar la plej bona decidanto estas Vi."[403] Tuj poste, li ordonis al siaj cetera kunuloj, ke ili pretiĝu por forlasi la fortikaĵon. "Per nia respondo al ilia invito," li diris al ili, "ni ebligos al ili elmontri la sincerecon de sia intenco."

Dum alproksimiĝis la horo de ilia foriro, Quddús vestis la kapon per la verda turbano, kiun Báb sendis al li, kiam li sendis tiun, kiun Mullá ḥusayn portis en la tego de sia martiriĝo. Ĉe la pordo de la frotikaĵo ili surseliĝis sur la ĉevalojn, kiujn oni disponigis al ili, kaj Quddús surseliĝis sur la preferatan ĉevalon de la princo, kiun ĉi tiu sendis por lia uzo. Liaj ĉefaj kunuloj, inter kiuj estis nombro da siyyidoj kaj kleraj teologoj, rajdis malantaŭ li, kaj piedsekvis ilin la ceteraj, portantaj kun si ĉion, kio restis el iliaj armiloj kaj apartenaĵoj. Kiam la anaro, kiu nombris ducent kaj du, atingis la tendon, kiun la princo ordonis, ke oni starigu por Quddús en la proksimeco de la publika banejo de la vilaĝo Dizva, kiu superrigardis la tendejon de la malamiko, ili elseliĝis kaj ekokupis siajn loĝojojn en la ĉirkaŭaĵo de tiu tendo.

Baldaŭ post ilia alveno, Quddus elvenis el sia tendo kaj, kuniginte siajn kunulojn, alparolis ilin en la jenaj vortoj: "Vi devas elmontri ekzempligan rezignon, ĉar tia konduto viaparte altigos nian Aferon kaj atestos al ĝia gloro. Eĉ iomete malpli ol tuta sindediĉo ja emos makuli la purecon de ĝia nomo kaj malheligi ĝian belecon. Preĝu al la Plejpotenculo, ke eĉ ĝis via lasta horo Li afable helpu vin partodoni al la altigo de Lia Kredo."

Kelkajn horojn post sunsubiro oni provizis por ili vespermanĝon, kiun oni portis el la tendejo de la princo. La manĝaĵoj, kiujn oni proponis al ili en apartaj pletoj, ĉiun el kiuj oni difinis al grupo de tridek kunuloj, estis malbonaj kaj nesufiĉaj. "Naŭ el ni", rakontis poste tiuj, kiuj estis kun Quddús, "estis alvokitaj de nia ĉefo partopreni la vespermanĝon, kiun oni provizis en lia tendo. Ĉar li rifuzis manĝi ĝin, ni ankaŭ, sekvante lian ekzemplon, detenis nin kaj ne manĝis. La deĵorantoj, kiuj servis nin, ĝojis partopreni la pladojn, kiujn ni rifuzis tuŝi, kaj manĝegis iliajn enhavojn dankeme kaj avide." Oni aŭdis kelkajn el la kunuloj, kiuj estis manĝantaj ekster la tendo, protestantaj al la deĵorantoj, petegante, ke ili volas aĉeti de ili, je ia ajn troega prezo, la panon, kiun ili bezonas. Quddús forte malaprobis ilian konduton kaj riproĉis ilin pro la peto, kiun ili faris. Se ne estus pro la propeto de Mírzá Muḥammad-Báqir, li estus severe punita ilin pro tio, ke ili tiel komplete malatentis liajn seriozajn admonojn.

Je tagiĝo alvenis sendito alvokanta Mírzá Muḥammad-Báqiron al la princo. Kun la konsento de Quddús li respondis al tiu invito, kaj revenis post unu horo, informante sian ĉefon, ke la princo, en la ĉeesto de Sulaymán Khán-i-AfshárKhán-i-Afshár, ripetis la certigojn jam faritajn, kaj traktis lin ege estime kaj bonkore. "'Mia ĵurpromeso,' li certigis al mi," Mírzá Muḥammad-Báqir klarigis, "'estas nerevokebla kaj sankta.' Li citis la okazon de Ja'far-Qulí Khán, kiu, malgraŭ lia senhonta masbuĉado de miloj da soldatoj de la imperia armeo dum la ribelo inciita de la Sálár, estis pardonita de sia suvereno kaj tuj superŝutita per novaj honoroj de ŝaho Muḥammad. Morgaŭ matene la princo intencas akompani vin al la publika banejo, de kie li iros al via tendo, post kio li provizos la ĉevalojn bezonotajn por rajdigi la tutan anaron al Sang-Sar, el kie ili disiĝos, kelkaj hejmenirontaj al Irako, kaj aliaj irontaj al Khurásán. Ĉe peto de Sulaymán Khán, kiu atentigis, ke la ĉeesto de tiel granda kunularo en tiel fortikigita centro, kiel estas Sang-Sar, estus ŝarĝita de risko, la princo decidis, ke la anaro disiĝu anstataŭe en Fírúz-Kúh. Mi opinias, ke tion, kion lia lango deklaras, lia koro tute ne kredas." Quddús, kiu samopiniis, ordonis al siaj kunuloj disiĝi eĉ en tiu nokto, kaj deklaris, ke li mem baldaŭ iros al Bárfurúsh. Ili rapidis petegi al li ne disiĝi de ili, kaj petis permeson daŭre ĝui la benojn de lia kunesto. Li konsilis al ili esti trankvilaj kaj paciencaj, kaj certigis ilin, ke, kiajn ajn afliktojn la estonteco ankoraŭ malkaŝos, ili denove rekuniĝos. "Ne ploru", estis liaj adiaŭaj vortoj; "la rekuniĝo, kiu sekvos tiun ĉi disiĝon, estos tia, ke ĝi eterne daŭros. Ni konfidis nian Aferon al la zorgo de Dio; kio ajn estu Liaj volo kaj bonplaĉo, tion ni ĝoje akceptas."

La princo ne plenumis sina promeson. Anstataŭ kuniĝi kun Quddús en lia tendo, li alvokis lin kaj kelkajn el liaj kunuloj al sia ĉefsidejo, kaj, tuj kiam ili atingis la tendon de la farrásh-bashí,[404] informis lin, ke tagmeze li mem alvokos lin al si. Baldaŭ poste, aro de la deĵorantoj de la princo iris kaj diris al la ceteraj kunuloj, ke Quddús permesis al ili kuniĝi kun li en la ĉefsidejo de la armeo. Kelkaj el ili estis trompitaj de ĉi tiu raporto, estis kaptitaj, kaj fine estis venditaj kiel sklavoj. Ĉi tiuj malfeliĉaj viktimoj formis la restaĵon de la kunuloj de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí, kiuj postvivis tiun heroan bataladon kaj estis savitaj por transsendi al siaj samlandanoj la malĝojan rakonton pri siaj suferadoj kaj afliktoj.

Baldaŭ poste, la deĵorantoj de la princo instigis Mullá Yúsúfon sciigi al siaj ceteraj kunuloj, ke ili tuj senarmiĝu. "Kon vi diros al ili precize?" ili demandis al li, kondukante lin al loko sufiĉe malproksime de la armea ĉefsidejo. "Mi avertos ilin," estis la sentima respondo, "ke, kio ajn estos de nun la karaktero de la komuniko, kiun vi elektas transdoni al ili pro ilia ĉefo, tiu komuniko estos tuta mensogo." Ĉi tiuj vortoj apenaŭ aŭdiĝis el liaj lipoj, kiam oni senkompate mortigis lin.

---

[403] Korano,7:88

[404] Vidu la Glosaron.

De ĉi tiu kruela ago ili turnis sian atenton al la fortikaĵo, rabis ĝin de ĝiaj enhavoj, kaj tute bombardis kaj detruis ĝin.[405] Ili tiam tuj ĉirkaŭis la ceterajn kunulojn kaj ekpafis sur ilin. Tiuj, kiuj evitis la kuglojn, estis mortigitaj per la glavoj de la oficiroj kaj la lancoj de iliaj soldatoj.[406] Oni ankoraŭ aŭdis tiujn ĉi nevenkeblajn heroojn eĉ dum mortangoro eldiri la vortojn: "Sankta, sankta estas vi, ho Sinjoro nia Dio, Sinjoro de la anĝeloj kaj la spirito," vortoj, kiuj en momentoj de ĝojego aŭdiĝis el iliaj lipoj, kaj kiujn ili nun ripetis kun mnbemalpliiĝanta fervoro en ĉi tiu supera momento de sia vivo.

Baldaŭ post kiam oni faris tiujn ĉi kruelegaĵojn, la princo ordonis, ke tiuj, kiujn oni retenis kiel kaptitojn, estu kondukitaj unuope en lian ĉeeston. Tiujn inter ili, kiuj estis homoj de konstatita rango, kiel la patro de Badí'[407] kaj ḥájí Naṣír-i-Qazvíní,[408] li ordonis al siaj deĵorantoj konduki al ṭihrán kaj akiri kontraŭ ilia liberigo elaĉeton de ĉiu el ili rekte proporcie al iliaj kapablo kaj riĉeco. Rilate al la ceteraj, li ordonis al siaj ekzekutistoj, ke oni tuj mortigu ilin. Kelkaj estis elhakitaj per la glavo,[409] aliaj estis diŝsiritaj, multaj estis ligitaj al arboj kaj kribritaj per kugloj, kaj ankoraŭ aliaj estis elpafitaj el kanonoj kaj bruiligitaj.[410]Ĉi tiu terura buĉado apenaŭ finiĝis, kiam tri el la kunuloj de Quddús, kiuj estis loĝantoj de Sang-Sar, estis kondukitaj en la ĉeeston de la princo. Unu el ili estis Siyyid Aḥmad, kies patro, Mír Muḥammad-`Alí, sindona admiranto de Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í, estis viro de granda klereco kaj distninginda merito Akompanata de ĉi tiu sama Siyyid Aḥmad kaj lia frato, Mír `Abu'l-Qásim, kiu mortis en la sama konkto, kiam Mullá ḥusayn estis mortigita, li foriris al Karbilá en la jaro antaŭ la deklaro de Báb, kun la intenco konatigi siajn du filojn al Siyyid Káẓim. Antaŭ lia alveno la siyyid mortis. Li tuj decidis foriri al Najaf. En tiu urbo aperis al li unu nokton en sonĝo la Profeto mahometo ordonanta al la Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj, ke li anoncu al li, ke post lia morto ambaŭ liaj filoj, Siyyid Aḥmad kaj Mír `Abu'l-Qásim, atingos la ĉeeston de la promesita Qá'im, kaj ke ĉiu suferos martiriĝon sur Lia vojo. Tuj kiam li vekiĝis, li alvokis sian filon Siyyid Aḥmad kaj konigis al li sian testamenton kaj siajn dezirojn. La sepan tagon post tiu sonĝo li mortis.

En Sang-Sar du aliaj personoj, Karbilá'í `Alí kaj Karbilá'í Abú-Muḥammad, ambaŭ konataj pro siaj pieco kaj spirita envidpovo, strebis pretigi la homojn por akcepto de la promesita Revelacio, kies alvenon ili sentis rapide alproksimiĝanta. En la jaro 1264 p.H.,[411] ili publike anoncis, ke eĉ en tiu jaro viro nomita Siyyid `Alí, antaŭirata de Nigra Standardo kaj akompanata de nombro da siaj elektitaj kunuloj, eliros el Khurásán kaj iros al Mázindarán. Ili instigis al ĉiu lojala aliĝinto de Islámo, ke ili leviĝu kaj ĉiel helpu. "La standardo, kiun li suprenlevos", ili deklaris, "estos neniu alia, ol la standardo de la promesita Qá'im; tiu, kiu malfaldos ĝin, estos neniu alia, ol Lia vicestro kaj ĉefa antaŭeniganto de Lia Afero. Tiu, kiu sekvos lin, estos savita, kaj tiu, kiu deturnos sin, estos inter la mortintoj." Karbilá'í Abú-Muḥammad instigis al siaj du filoj, `Abu'l-Qásim kaj Muḥammad-`Alí, ke ili leviĝu por la triumfo de la nova Revelacio kaj oferu ĉiun materian konsideron, por ke ili atingu tiun celon. Karbilá'í Abú-Muḥammad kaj Karbilá'í `Alí ambaŭ mortis printempe de tiu sama jaro.

---

[405] "Oni eldetruis őiujn konstruaŕojn starigitajn de la babanoj, oni nivelis la teron por lasi nenian postsignon de la heroa defendo de tiuj, kiuj mortis pro sia kredo, erare opiniante, ke tiamaniere oni trudsilentigus la historion." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 327.)

[406] "Oni starigis ilin rektvice kaj oni amuziăis per tio, ke oni fendis iliajn ventrojn; ago tiom pli gajiga, őar la fenditaj intestoj eligis herbojn ankoraů ne digestitajn; tio estis laůtega atesto pri la doloroj, kiuj afliktis ilin, sed ankaů pri la kredo, kiu subtenis ilin. Tre malmultaj fine sukcesis forkuri en la arbaron." (Ibid.)

[407] ḥájí `Abdu'l-Majíd-i-Níšľabúrí, kiun oni fine martirigis en Ňľurásán.

[408] "'Estis tiam,' diris Mírzá Jání, 'ke Islámo donis al la mondo hontindan spektaklon. La venkintoj, se oni povas tiel titoli ilin, volis ăui la ekscitegon de sia triumfo. Oni enkatenigis Quddúson, Mírzá Muḥammad-ḥasan Ňľánon, frato de Bábu'l-Báb, Áňľúnd Mullá Muḥammad-ṣádiq-i-Ňľurásánion, ḥájí Mírzá ḥasan-i-Ňľurásánion, Šľayňľ Ni'matu'lláh-i-Ámulíon, ḥájí Naṣír-i-Qazvíníon, Mullá Yúsúf-i-Ardibílíon, Áqá Siyyid `Abdu'l-`Aýím-i-Ňľu'íon, kaj kelkajn aliajn. Oni lokigis ilin meze de procesio, kiu ekmarěis tambursone kaj kun muziko. Kaj őiam, kiam ili trapasis loăantarejon, oni batis ilin.'" ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 327-8.) "La scenoj de kruelegeco ne haltis eő tiam. Se kelkaj evitis la morton pro tio, ke oni vendis ilin kiel sklavojn, aliajn oni martirigis. Tiuj, kiuj trovis bonvolajn akirintojn, estis Áňľúnd Mullá Muḥammad-ṣádiq-i-Ňľurásání, Mullá Muḥammad-i-Maḥvalátíy-i-Dúŕľ-Ábádí, Áqá Siyyid `Aýím-i-Ňľú'í, ḥájí Naṣír-i-Qazvíní, ḥájí `Abdu'l-Majíd-i-Níšľabúrí, Mírzá ḥusayn-i-Mutavallíy-i-Qumí. Kvar babanoj suferis martiriăon en Bárfurúšľ. Du oni sendis al Ámul: unu el ői tiuj estis Mullá Ni'matu'lláh-i-Ámulí, la alia, Mírzá Muḥammad-Báqir-i-Qá'iní, kuzo de nia babana Aůtoro. Qá'iní loăis antaůe en Mašľhad, en aleo nomita Ňľiyábán-Bálá, kaj lia domo, kiun oni alnomis Bábíyyih, estis rendevuejo de la sekretarioj, kiel ankaů restadejo por travojaăantaj religiuloj. Tie loăis Quddús kaj Bábu'l-Báb survoje al Ňľurásán. Krom tio, ke li havis religian scion, Qá'iní estis treege manlerta, kaj estis li, kiu elpensis la remparojn de Šľayňľ ṭabarsí." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 329.)

[409] "Rilate al la ceteraj, li kuěigis őiujn kaptitojn sur la teron flankon őe flanko, kaj unuope oni tranőis iliajn ventrojn. Oni rimarkis, ke la interstaroj de kelkaj el ői tiuj malfelióuloj estis plenaj de nekuiritaj herboj. Kiam ői tiuj ekzekuto estis plenumita, oni trovis, ke restas ankoraů io por fari, kaj oni mortigis la transkurintojn pardonitajn. Estis ankaů infanoj kaj virinoj; oni kruele mortigis ilin ankaů. Tiu tago estis plena. Oni multe mortigis kaj nenion riskis." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.189.) "Alveninte al Ámul, Mullá Ni'matu'lláh estis malpardoneme kruele turmentita. Eble ői tiu spektaklo ege furiozigis Qá'iníon Őiaokaze, kiam la ekzekutisto alproksimiăis al li, Qá'iní rompis la katenojn őirkaů si, saltis sur la ekzekustiston, perforte forprenis lian glavon, kaj tiel fortege frapis lin, ke lia kapo rulis 15 paěojn. La homamaso ŕetegis sin su lin, sed, terura, li batfaligis őe la piedojn őiujn, kiujn lia armilo atingis. Oni devis pafmortigi lin de malproksime. Post lia morto, oni trovis en lia poěo pecon da rostita őevalviando, momoraŕo de la mizeroj, kiujn li travivis pro sia kredo." (Ibid., pp.329-30.)

[410] "Őiuj miris je la maniero de ilia memofero... La koro konfuziăas pro iliaj faroj, kaj la animo miras pri iliaj suferkapablo kaj korpa forto... Ői tiuj sanktaj lumoj heroe travivis dum dekok jaroj la multegajn afliktojn, kiuj pluvis sur ilin el őiu flanko. Kun kia amo, kia sindono, kiaj ăojego kaj sankta ekstazo ili oferis la vivon sur la vojo de la Őioglora! Őiuj atestas al ői tiu vero. Kaj tamen, kiel oni povas malgrandigi tiun ői Revelcion? Őu ia epoko vidis tiajn gravegajn okazaŕoj? Se ői tiuj kunuloj ne estas veraj strabantoj al Dio, kiujn aliajn oni povus nomi per ői tiu nomo? Őu ői tiuj kunuloj serőadis potencon aů gloriăon? Őu ili iam sopiris al riőaŕojn? Őu ili deziris ion krom la bonplaőo de Dio? Se ői tiuj kunuloj, kun őij siaj mirindaj atestaŕoj kaj mirindaj faroj, estas falsaj, kiu do indas pretendi por si la veron? Je Dio! Eő iliaj faroj estas sufiőa atestaŕo kaj nerefutebla pruvo al őiuj popoloj de la tero, se la homoj nur pripensadus en siaj koroj la misterojn de Dia Revelacio. 'Kaj tiuj, kiuj maljuste agos, baldaů scios, kia sorto atendas ilin!'" ("Kitáb-i-Íqán", pp.189-91.)

[411] 1847-8 p.Kr.

Ĉi tiuj du filoj de Karbila'i Abú-Muḥammad estis la du kunuloj, kiujn oni kondukis kune kun Siyyid Aḥmad en la ĉeeston de la princo. Mullá Zaynu'l-`Abidín-i-Shahmírzádí, unu el la fidindaj kaj kleraj konsilantoj de la registaro, konigis al la princo ilian historion kaj rakontis la travivaĵojn kaj agadojn de ilia respektivaj patroj. "Pro kio," oni demandis al Siyyid Aḥmad, "vi elektis iri laŭ vojo, kiu implikis vin kaj viajn parencojn en tiajn cirkonstancojn de mizero kaj malhonoro? Ĉu vi ne povus kontentiĝi per la vasta nombro de erudiciaj kaj eminentaj teologoj, kiuj troviĝas en ĉi tiu lando kaj en Irako?" "Mia kredo je ĉi tiu Afero," li sentime rediris, "ne devenas de vana imitado. Mi senpasie esploris ĝiajn instruojn kaj konvinkiĝis pri ĝia vero. Kiam mi estis en Najaf, mi kuraĝis peti al la supera Mujtahid de tiu urbo, Sahykh Muḥammad-ḥasan-i-Najafí, ke li klarigu al mi certajn verojn rilate al la flankaj principoj de la instruoj de Islámo. Li rifuzis konsenti al mia peto. Mi ripetadis mian peton, ĉe kio li kolere riproĉis min kaj persistis en sia rifuzo. Kiel, sekve de tia travivaĵo, oni povas atendi, ke mi serĉu klerecon pri la malfacile kompreneblaj punktoj de la Islámа Kredo de teologo, kiel ajn eminenta, kiu rifuzas respondi al mia demando pri tiel simplaj kaj ordinaraj aferoj, kaj kiu esprimas sian indignon pro tio, ke mi faris al li tiajn demandojn?" "Kio estas via kredo rilate al ḥájí Muḥammad-`Alí?" demandis la princo. „Ni kredas", li respondis, „ke Mullá ḥusayn estis la portanto de la standardo, pri kiu mahometo parolis: ‚Se viaj okuloj vidos la Nigrajn Standardojn irantajn el Khurásán, rapidu al ili, eĉ se vi devos rampi sur la neĝo.' Pro tio ni malkonfesis la mondon kaj amasiĝis al lia standardo, standardo, kiu estas nur simbolo de nia Kredo. Se vi deziras bonfari al mi, ordonu al via ekzekutisto, ke li mortigu min kaj ebligu al mi kolektiĝi al la aro de miaj senmortaj kunuloj. Ĉar la mondo kaj ĉiuj ĝiaj ĉarmoj ĉesis allogi min. Mi sopiras morti kaj reiri al mia Dio." La princo, kiu ne volis mortigi Siyyidon, rifuzis ordoni lian ekzekuton. Tamen, liaj du kunuloj estis tuj mortigitaj. Li kun lia frato Siyyid Abu'Talib estis kondukitaj al Mullá Zaynu'l-`Ábidín, kiu estis ordonita konduki ilin al Sang-Sar.

Dume Mírzá Muḥammad-Taqí, akompanata de sep el la ulemoj de Sárí, eliris el tiu urbeto por partopreni la laŭdindan agon suferigi mortpunon sur la kunulojn de Quddús. Kiam ili trovis, ke tiuj jam estis mortigitaj, Mírzá Muḥammad-Taqí instigis al la princo, ke li repripensu sian decidon kaj ordonu tujan mortigon de Siyyid Aḥmad, persistante, ke lia alveno al Sárí estus signalo por novaj maltrankviloj tiel gravaj, kiel tiuj, kiuj jam afliktis ilin. La princo fine konsentis, je definitiva kondiĉo, ke tiu konsideru lin kiel sian gaston ĝis lia propra alveno al Sárí, kiam li ĉiel klopodus malebligi, ke li maltrankviligu la pacon de la ĉirkaŭaĵo.

Tuj kiam Mírzá Mzhammad-Taqí ekiris al Sárí, li komencis kalumnii Siyyid Aḥmadon kaj lian patron. "Pro kio agi malbone kontraŭ gasto", lia kaptito petegis, "kiun la princo konfidis al vi? Pro kio ignori la ordonon de la Profeto, 'Honorigu vian gaston eĉ se li estas senkredulo'?" Ekfuriozigita, Mírzá Muḥammad-Taqí, kune kun siaj sep kunuloj, elingigis siajn glavojn kaj elhakis lian korpon. Oni aŭdis Siyyid Aḥmadon alpreĝi ĝis sia lasta spiro la helpon de la ṣáḥibu'z-Zamán. Rilate al lia frato Siyyid Abú-ṭálib, li estis sendanĝere kondukita al Sang-Sar de Mullá | Zaynu'l-`Ábidín, kaj eĉ ĝis hodiaŭ loĝadas kun sia frato Siyyid Muḥammad-Riḍá en Mázindarán. Ambaŭ okupiĝas je servado al la Afero kaj enkalkuliĝas inter ĝiaj agemaj subtenantoj.

Tuj kiam lia laboro finiĝis, la princo, akompanata de Quddús, reiris al Bárfurúsh. Ili alvenis vendredon posttagmeze, la dekokan de Jamádíy'th-Thání.[412] La Sa'ídu'l-`Ulamá', kune kun ĉiuj ulemoj de la urbeto, iris bonvenigi la princon kaj esprimi siajn gratulojn pro lia triumfa reveno. La tuta urbeto estis flagornamita por festi la venkon, kaj la festfajegoj, kiuj flamis en la nokto, atenstis la ĝojon, kun kiu dankema loĝantaro salutis la revenon de la princo. Tri tagoj da festado pasis, dum kiuj li faris nenian esprimon pri sia intenco rilate al la sorto de Quddús. Li ŝanceliĝis en sia decido, kaj tute ne volis malbonfari al sia kaptito. Li unue rifuzis permesi al la loĝantoj kontentigi siajn sentojn de senkompata malamo, kaj povis deteni ilian furiozon. Li unue intencis konduki lin al ṭihrán kaj transkonduki lin al sia suvereno, tiamaniere senŝarĝiĝante sin de la respondeco, kiu surpezis lin.

Tamen, la neestingebla malamikeco de la Sa'ídu'l-`Ulamá malhelpis la plenumon de ĉi tiu plano. La malamo, per kiu Quddús kaj lia Afero inspiris lin, ege ekfurioziĝis, kiam li vidis la pliiĝantan signojn de la emo de la princo permesi tiel timigan kontraŭulon eliĝi el lia premteno. Tage kaj nokte li protestadis al li kaj, per ĉiu ruzo, kiun lia rimedoplena cerbo kapablis elpensi, provis malkonsili al li sintenadon, kiun li opiniis esti malsukcesiga kaj malkuraĝa. En la furiozo de sia malespero, li alvokis la popolaĉon kaj, flamigante iliajn pasiojn, provis tiamaniere eksciti en liaj koroj plej malnoblajn sentojn de venĝo. La tuta urbeto Bárfurúsh ekscitiĝis pro lia persistada alvoko. Lia diabla lerteco baldaŭ gajnis por li la kunsenton kaj subtenon de la vulgarulаro. "Mi ĵurpromesis," li tiranece protestis, "rifuzi kaj manĝi kaj dormi ĝis kiam mi povos per miaj propraj manoj mortigi ḥájí Muḥammad-`Alíon."|La minacoj de agitita popolamaso plifortigis lian petegon kaj sukcesis eksciti la antaŭtimon de la princo. Timante, ke lia propra vivo estos en danĝero, li alvokis al si la ĉefajn ulemojn de Bárfurúsh por konsiliĝi pri tio, kiel klopodi por trankviligi la tumulton de popola ekscito. Ĉiuj invititoj respondis krom Mullá Muḥammad-i-ḥamzih, kiu petis permeson foresti tiun kunvenon. Kelkafoje antaŭe, dum la sieĝo de la fortikaĵo, li penis inklinigi al la loĝantoj, ke ili detenu sin de perforto. Kelkajn tagojn antaŭ sia forlaso de la fortikaĵo, Quddús konfidis al li, pere de unu el siaj fidindaj kunuloj de Mázindarán, ŝlositan selsakon enhavantan la tekston de lia propra signifoklarigo pri la ṣád de ṣamad, kiel ankaŭ ĉiujn liajn aliajn verkojn kaj dokumentojn, kiujn li havis kun si, la sorto de kiu restas nekonata eĉ ĝis hodiaŭ.

Tuj kiam la ulemoj kuniĝis la princo ordonis, ke oni enkonduku Quddúson. De la tago, kiam li forlasis la fortikaĵon, Quddús, kiun oni kondukis en la gardon de la farrásh-bashí, ne estis alvokita al lia ĉeesto. Tuj kiam li alvenis, la princo

[412] 11. Majo, 1849 p.Kr.

stariĝis kaj invitis lin eksidi apud li. Turninte sin al la Sa’ídu’l-`Ulamá, li instigis, ke ties konversacio kun li estu kondukata senpasie kaj konscience. “Via diskuto”, li asertis, “temu pri kaj baziĝu sur la versoj de la Korano kaj la tradicioj de Mahometo, per kiuj sole vi povos elmontri la verecon aŭ malverecon de viaj argumentoj.” “Pro kio vi”, la Sa’ídu’l-`Ulamá impertinente demandis, “per tio, ke vi elektis meti verdan turbanon sur la kapon, arogis al vi rajton, kiun nur tiu povas pretendi, kiu estas vera ido de la Profeto? Ĉu vi ne scias, ke tiu, kiu malobeas al ĉi tiu sankta tradicio, estas malbenita de Dio?” “Ĉu Siyyid Murtaḍá”, Quddús trankvile respondis, “kiun ĉiuj konataj ulemoj laŭdas kaj estimas, estis ido de la Profeto pere de sia patro aŭ de sia patrino?” Unu el la ĉeestantoj ĉe tiu kunsido tuj deklaris, ke la patrino sola estis siyyid. “Pro kio do kontraŭstari min”, rediris Quddús, “ĉar mia patrino estis ĉiam konata de la loĝantoj de ĉi tiu urbeto kiel linia idino de la Imám ḥasan? Ĉu ŝi ne estis honorigata pro sia deveno, |eĉ respektegata de ĉiu el vi?”

Neniu kuraĝis kontraŭdiri lin. La Sa’ídu’l-`Ulamáonekkaptis indigno kaj malespero. Kolere li terenĵetegis sian turbanon kaj ekstaris por forlasi la kunvenon. “Ĉi tiu viro”, li tondris, antaŭ ol li foriris, “sukcesis pruvi al vi, ke li estas ido de la Imám ḥasan. Li baldaŭ pravigos sian pretendon, ke li estas parolilo de Dio kaj revelacianto de Lia volo!” La pprinco estis instigita fari la jenan deklaron: “Mi senkulpiĝas pri ĉiu malutilo, kiu okazos al ĉi tiu viro. Vi estas liberaj fari al li tiel, kiel vi deziras. Vi mem devos respondi al Dio en la Juĝotago.” Tuj post kiam li parolis tiujn ĉi vortojn, li petis sian ĉevalon kaj, akompanata de siaj deĵorantoj, foriris al Sárí. Timigita de la malbenoj de la ulemoj kaj forgesema pri sia ĵuro, li malnoble cedis Quddúson al senkompata malamiko, tiuj malsategaj lupoj, kiuj sopiris al la momento, kiam ili povus kun nedetenata perforto ekkapti sian viktimon kaj liberigi sur lin plej furiozajn pasiojn de venĝo kaj malamo.

Tuj kiam la princo liberigis ilin de sia malpermeso, la ulemoj kaj la loĝantoj de Barfurusz, obeantaj al la ordonoj de la Sa’ídu’l-`Ulamá,[413] leviĝis por suferigi sur la korpon de sia viktimo tiel abomenajn kruelecojn, kiujn nenia plumo povas priskribi. Laŭ la atesto de Bahá’u’lláh, tiu heroa junulo, kiu ankoraŭ estis ĉe la vivosojlo, estis subigita al tiaj turmentegoj kaj suferis tian morton, kiajn eĉ Hesuo ne travivis en la horo de sia plej granda angoro. La foresto de ĉia deteno flanke de la registaraj aŭtoritatuloj, la inventema barbareco, kiun la turmentegantoj|de Bárfurúsh tiel lerte elmontris, la furioza fanatikeco, kiu ardis en la brustoj de ĝiaj ŝianaj loĝantoj, la morala subteno donita al ili de la altranguloj religiaj kaj ŝtataj en la ĉefurbo – antaŭ ĉio, la agoj de heroeco, kiujn ilia viktimo kaj liaj kunuloj estis plenuminta, kaj kiuj emis pliigi ilian koleregon, ĉio kune fortikigis la manon de la atakantoj kaj aldonis al la diabla kruelegeco, kiu karakterizis lian martiriĝon.

Tiaj estis ĝiaj detaloj, ke Báb, kiu estis tiam malligberigita en la kastelo de Chihríq, dum periodo de ses monatoj povis nek skribi nek dikti. La profunda malĝojo, kiun Li sentis, silentigis la voĉon de revelacio kaj senmovigis Lian plumon. Kiel profunde Li funebris sian perdon! Kiajn kriojn de angoro Li sendube ekkriis dum la rakonto pri la sieĝo, la netakseblaj suferoj, la senhonta perfido, kaj la masbuĉado de la kunulojde Shaykh ṭabarsí atingis Liajn orelojn kaj malkaŝiĝis al Li! Kiajn doloregojn de malĝojo Li sendube sentis, kiam Li informiĝis pri la malhonora traktado, kiun Lia amata Quddús suferis fare de la loĝantoj de Bárfurúsh en sia horo de martiriĝo; kiel li estis senvestita; kiel estis malpurigita la turbano donacita al li; kiel, nudpieda, nudkapa, kaj enkatenigita, li estis paradmarŝigita tra la stratoj, sekvata kaj mokata de la tuta loĝantaro de la urbeto; kiel li estis abomenvorte alparolata kaj surkraĉata de la krieganta popolaĉo; kiel li estis atakata per tranĉiloj kaj hakiloj de ĝia kanajlinaro; kiel lia kadavro estis traborita kaj senmembrigita, kaj kiel fine ĝi estis bruligita!

Meze de liaj turmentoj, oni aŭdis Quddúson flustropardoni al siaj malamikoj. “Pardonu, ho mia Dio,” li kriis, “la pekojn de ĉi tiu popolo. Havu kompaton por ili, ĉar ili ne scias tion, kion ni jam eltrovis kaj ameme gardas. Mi strebis montri al ili la vojon, kiu kondukas al ilia saviteco; rigardu, kiel ili leviĝis venki kaj mortigi min! Montru al ili, ho Dio, la vojon de Vero, kaj ŝanĝu ilian nescion en kredon.” En lia horo de angoro, oni vidis, kiel la Siyyid-i-Qumí, kiu tiel perfideme forlasis la fortikaĵon, preteriras lin. Ekvidinte lian malfortecon, li |batis lian vizaĝon. “Vi pretendis,” li kriis kun fierega moko, “ke via voĉo estas la voĉo de Dio. Se vi parolas la veron, disrompu viajn katenojn kaj liberiĝu el la manoj de viaj malamikoj.” Quddús rigardis neŝaceleble en lian vizaĝon, elĝemis profunde kaj diris: “Dio repagu vin pro via faro, ĉar vi helpis aldoni al la grado de miaj afliktoj.” Alproksimiĝinte al la Sabzih-Maydán, li laŭtigis la voĉon kaj diris: “Ke mia patrino estus kun mi kaj vidus per siaj propraj okuloj la belecon de mia edziĝo!” Li apenaŭ parolis tiujn ĉi vortojn, kiam la koleregigita popolamaso ĵetis sin sur lin kaj, pecetŝirinte lian kadavron, ĵetis la sisigitajn membrojn en fajron, kiun ili ekbruligis tiucele. Noktomeze, ĉio, kio ankoraŭ restis de la fragmentoj de tiu bruligita kaj senmembrigita kadavro, estis kolektita de sindona amiko[414] kaj enterigita proksime al la loko de lia martiriĝo.[415]||Estus konvene

---

[413] “La babanoj rimarkas kun intereso, ke kelkatempe poste la Sa’ídu’l-`Ulamá’on kaptis stranga malsano. Malgraů la peltoj, per kiuj li őirkaůis sin, malgraů la fajro, kiu daůre brulis en lia őambro, li frostotremis, kaj tamen la interna fajro, kiu forkonsumis lin, estis tiel intensa, ke nenio povis satigi lian neestingeblan soifon. Li mortis, kaj lia domo, kiu estis belega, restis forlasita. Ăi ruiniăis kaj, iom post iom, oni kutimiăis ŕeti malpuraŕojn sur la lokon, kie ăi staris antaůe. Ői tiuj faroj tiel profunde enskribiăis en la memoron de la Mázindaránoj, ke, kiam ajn ili insultas unu la alian, ili őiam finas per la jena diraŕo: ’Okazu al via domo la sama sorto, kiel okazis al tiu de la Sa’ídu’l-`Ulamá.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p.330.)

[414] Őiuokaze ĕajnas, ke post la martiriăo de Jináb-i-Quddús, pia teologo, nomita ḥájí Muhammad-i-ḥamzih, kies lerteco pri ekzegezo kaj spiritaj talentoj estis konstatitaj de őiuj, sekrete sendis kelkajn personojn enterigi la senmembrigitan kadavron en la ruinigitan kolegion suprenomitan. Kaj tiu, tute ne aprobante la konduton de la Sa’ídu’l-`Ulamá, malbenadis kaj kalumniis lin, kaj mem neniam mortkondamnis iun babanon, sed kontraůe, havigadis decan enterigon por tiuj, kiuj estis mortigitaj de la Sa’ídu’l-`Ulamá. Kaj kiam oni demandis lin pri la garnizono de la kastelo, li őiam respondis: ’Mi ne kondamnas ilin nek parolas malbone pri ili.’ Pro tio, duono de Bárfurúšľ restis neůtrala, car unue li malpermesadis, ke oni kalumniu aů turmentetu la babanojn, kvankam poste, kiam la maltrankvilo pligrandiăis, li opiniis, ke estus prudente silenti kaj resti hejme. Nu liaj severmora vivo, pieco, klereco, kaj virteco estis tiel bone konataj de la loăantoj de Mázindarán, kiel la senreligieco, senmoraleco, kaj monavideco de la Sa’ídu’l-`Ulamá.

nuntempe enskribi la nomojn de tiuj martiroj, kiuj partoprenis la defendon de la fortikaĵo de Shaykh ṭabarsí, en la espero, ke estontaj generacioj rememoru fiere kaj dankeme la nomojn, kiel ankaŭ la farojn, de tiuj pioniroj, kiuj per siaj vivo kaj morto tiel multe riĉigis la kronikon de la senmorta Kredo de Dio. Tiujn nomojn, kiujn mi sukcesis kolekti el diversaj fontaj, kaj pro kiuj mi precipe dankas al Ismu'lláhu'l-Mím, Ismu'lláhu'l-Javád, kaj Ismu'lláhu'l-Asad, mi nun elnomos, esperante, ke, ĝuste kiel en la supera mondo ĉirkaŭas iliajn animojn la lumo de eterna gloro, tiel ankaŭ iliaj nomoj restos eterne sur la langoj de la homaro; ke ilia mencio daŭros elvoki similan spiriton de entuziasmo kaj sindono en la koroj de tiuj, al kiuj transiĝis ĉi tiu netaksebla heradaĵo. De miaj informintoj mi ne nur sukcesis kunigi la nomojn de la plejmulto el tiuj, kiuj mortfalis dum tiu memorinda sieĝo, sed ankaŭ sukcesis havigi reprezentigan, kvankam nekompletan liston de ĉiuj tiuj martiroj, kiuj, de la jaro '60[416] ĝis hodiaŭ, la lasta parto de la monato Rabí'u'l-Avval en la jaro 1306 p.H.,[417] fordonis la vovojn sur la vojo de la Afero de Dio. Estas mia intenco mencii ĉiun el ĉi tiuj nomoj kun la speciala okazaĵo, kun kiu ĝi ĉefe rilatas. Jen estas la nomoj de tiuj, kiuj trinkegis la pokalon de martireco defendante la fortikaĵon de ṭabarsí.

1. La unua kaj elstaranta inter ili estas Quddús, al kiu Báb donacis la nomon Ismu'lláhu'l-Akhar.[418] Li, la Sasta Litero de la Vivanto kaj la elektita kunulo de Báb dum ĉi ties pilgrimado al Mekko kaj Medino, kune kun Mullá ṣádiq kaj Mullá `Alí-Akbar-i-Ardistání, estis la unua, kiu suferis persekuton en Persujo pro la Afero de Dio. Li havis |nur dekok jarojn, kiam li forlasis sian naskiĝurbeton Bárfurúsh kaj iris al Karbilá. Dum ĉirkaŭ kvar jaroj li sidis ĉe la piedoj de Siyyid Káẓim, kaj en la aĝo de dudek du jaroj renkontis kaj ekkonis sian Amaton en Shíráz. Kvin jarojn poste, la dudek trian de Jamádíy'th-Thání en la jaro 1265 p.H.,[419] en la Sabzih-Maydán de Bárfurúsh, li estis destinita viktimiĝi pro plej subtila kaj diboĉa barbareco de la malamikaro. Báb, kaj poste Bahá'u'lláh, funebris la perdon en sennombraj Tabuletoj kaj preĝoj, kaj laŭdegis lin. Tioma estis la honoro, kiun Bahá'u'lláh montris al li, ke, en sia komentario pri la verso de Kullu'ṭ-ṭá'am,[420] kiun Li revelaciis en Baghdád, Li donacis al li la superegan rangon de Nuqṭiy-i-Ukhrá,[421] rango, kiun superis nur tiu de Báb mem.[422]

2. Mullá ḥusayn, alnomita Bábu'l-Báb, la unua, kiu ekkonis kaj akceptis la novan Revelacion. En la aĝo de dekok jaroj li ankaŭ eliris el sia naskiĝurbeto Búshrúyih en Khurásán, kaj iris al Karbilá, kaj dum naŭ jaroj restis en intima interrilato kun Siyyid Káẓim. Kvar jarojn antaŭ la Deklaracio de Báb, obeanta al la instrukcioj de Siyyid Káẓim, li renkontis en Iṣfáhán la kleran mujtahidon Siyyid Báqir-i-Rashtí, kaj en Mashhad Mírzá `Askaríon, al kiuj ambaŭ li transdonis digne kaj elokvente la komunikojn, kiujn lia ĉefo konfidis al li. La cirkonstancoj de lia martiriĝo elvokis la neesprimeblan malĝojon de Báb, malĝojo,kiu eligis laŭdojn kaj preĝojn tiel multnombrajn, ke ili trioble egalus la Koranon. En unu el siaj vizitaj Tabuletoj, Báb asertas, ke eĉ la polvo de la tero, kie kuŝas enterigita la kadavro de

---

[415] "Tiu, kiu konis lin kaj pilgrimadis kun li (Quddús) estas ja tiu, sur kiun ok unuecoj suriĝis, kaj Dio honorigis lin apud siaj anĝeloj en la plej alta ĉielo pro la maniero, laŭ kiu li retiriĝis de ĉio, kaj pro tio, ke li estis tute neriproĉinda antaŭ Dio." ("La Persa Bayan, vol.2, p.164.) "Ankoraŭ pli mirinda, ol la okazaĵoj supre priskribitaj, estas la rakonto pri ili de `Abbás-Qulí Ňľán, kun multaj esprimoj de admiro, al princo Aḥmad-Mírzá. La mortinta ḥájí Mírzá Jání skribas: 'Ĉirkaŭ du jarojn post la malfeliĉego de Šľayňľ ṭabarsí, mi aŭdis iun, kiu, kvankam li ne estis kredanto, tamen estis honest, verema, kaj konfidinda, rakonti jene: "Ni estis sidantaj kune, kiam iu aludis al la milito, kiun kelkaj, el la ĉeestantoj faris kontraŭ Hađrat-i-Quddús kaj Jináb-i-Bábu'l-Báb. Princo Aḥmad Mírzá kaj `Abbás-Qulí Ňľán estis inter la anaro. La princo demandis al `Abbás-Qulí Ňľán pri la afero, kaj li respondis jene: 'La vero estas, ke tiu, kiu ne vidis Karbiláon, se li estus vidinta ṭabarsíon, ne nur komprenus, kio okazis tie, sed ĉesus pripensi ĝin; kaj se li estus vidinta Muzlla ḥusaynon de Búšľrúyih, li konvinkiĝus, ke la ĉefo de la martiroj revenis teren; kaj se li estus vidinta miajn farojn, li certe dirus: "Ĉi tiu estas Šľimr reveninta kun glavo kaj lanco." Mi ĵuras je la sankta plumo de Lia Moŝto la Centro de la Universo, ke unu tagon Mullá ḥusayn, protanta sur la kapo verdan turbanon, kaj sur la ŝultro mortkitelon, elvenis el la kastelo, elstaris en la libera kampo, kaj, apogante sin sur lanco, kiun li tenis en la mano, diris: `"Ho popolo, pro kio, sneesplore kaj sub influo de pasio kaj antaŭjuĝa falsreprezentado, vi agas tiel kruele kontraŭ ni, kaj strebas senkaŭze verŝi senkulpan sangon? Hontu antaŭ la Kreinto de la universo, kaj almenaŭ permesu al ni trairon, por ke ni povu foriri el ĉi tiu lando." Ekvidinte, ke la soldatoj kortuŝiĝis, mi ekpafigis, kaj ordonis al la soldataro laŭtkrii, por ke ili supersonu lian voĉon. Denove mi vidis lin apoganta sin sur sia lanco kaj aŭdis lin krii: "Ĉu estas iu, kiu helpos min?" trifoje, kaj ĉiuj aŭdis lian krion. En tiu momento ĉiuj soldatoj silentis, kaj kelkaj ekploris, kaj multaj el la rajdistoj videble kortuŝiĝis. Timante, ke la armeo estos delogita de ilia lojaleco, mi denove ordonis al ili ekpafi kaj laŭtkrii. Tiam mi vidis Mullá ḥusaynon elingigi sian glavon, suprenrigardi al la ĉielo, kaj aŭdis lin ekkrii: "Ho Dio, mi plenumis la pruvon al ĉi tiu armeo, sed malsukcese." Tiam li ekatakis nin dekstre kaj maldekstre. Mi ĵuras je Dio, ke en tiu tago li manuzis la glavon laŭ tia maniero, kiu superegas homan povon. Nur la rajdistoj de Mázindarán kontraŭstaris kaj rifuzis forkuri. Kaj kiam Mullá ḥusayn bone fervoriĝis en la lukto, li kuratingis forkurantan soldaton. La soldato ŝirmis sin malantaŭ arbo, kaj plie strebis protekti sin per sia muskedo. Mullá ḥusayn tiel batis lin per sia glavo, ke li fendis lin kaj la arbon kaj la muskedon en ses pecojn. Kaj dum tiu tuta milito, neniam lia glavobato eraris, sed ĉiu bato lia trafis. Kaj laŭ iliaj vundoj mi povis rekoni tiujn, kiujn Mullá ḥusayn glavmortigis, kaj ĉar mi aŭdis kaj sciis, ke neniu povis ĝuste manuzi la glavon krom la ĉefo de la Kredantoj, kaj ke estas preskaŭ neeble, ke glavo fendu tiel ĝuste, tial mi malpermesis al ĉiuj, kiuj scias pri tiu afero, mencii ĝin aŭ sciigi ĝin, por ke la soldataro ne malkuraĝiĝu kaj malfortikiĝu dum la batalo. Sed vere mi ne scias, kio estis montrita al ĉi tiuj homoj, aŭ kion ili vidis, ke ili elvenis batali kun tiaj vigleco kaj ĝojo, kaj partoprenis la malpacon tiel avide kaj ĝoje, ne montrante sur la vizaĝoj ian signon de timo aŭ antaŭtimo. Oni imagus, ke al ili la akra glavo kaj sangoverŝanta ponardo estas nur periloj por atingi eternan vivon, tiel avide iliaj koloj kaj brustoj bonvenigis ilin, dum ili ĉirkaŭiris kiel salamandroj la fajran hajlon de kugloj. Kaj la mirinda afero estas, ke ĉiuj ĉi viroj estis kleruloj kaj instruituloj, sidemaj ermitoj el kolegio kaj monaĥejo, delikate nutritaj kaj malfortaj, ja harditaj al malluksoj, sed fremdaj al kanonmuĝo, muskedara klako, kaju batalkampo. Plie, dum la lastaj tri monatoj de la sieĝo, ili estis absolute sen pano kaj akvo, kaj ege malfortiĝis pro manko de eĉ tioma porcieto da nutraĵo, kiom sufiĉas por vivtenado. Malgraŭ ĉi tio, ŝajnis kvazaŭ nova spirito estis inspirita en ilin dum batalo, tioma, ke la homa konceptpovo ne kapablas imagi la fervoron de iliaj kuraĝo kaj braveco. Ili malkaŝadis siajn korpojn al la kugloj kaj kuglegoj ne nur sentime kaj kuraĝe, sed avide kaj ĝoje, ŝajne konsiderantaj la batalkampon kiel festenon, kaj emantaj forĵeti sian vivon.'""" („Táriňľ-i-Jadíd", pp.106-109.)

[416] 1844 p.Kr.

[417] Novembro-Decembro, 1888 p.Kr.

[418] Laŭlitere « La Lasta Nomo de Dio. »

[419] 16. Majo, 1849 p.Kr.

[420] Korano, 3:93.

[421] Laŭlitere "La Laste Punkto".

[422] Vidu noton 2, p…

Mullaas enterigita la kadavro de Mulla Husayn Husayn, estas dotita de tia potenco, ke ĝi povus ĝojigi la malĝojulojn kaj resanigi la malsanulojn. En la Kitáb-i-Íqán, Bahá'u'lláh laŭdas kun ankoraŭ pli granda forto la virtecon de Mullá ḥusayn. « Se ne estus pro li », Li skribas, « Dio ne estus |firmiĝinta sur la sidlokon de sia kompato, nek surtroniĝinta sur la tronon de eterna gloro!"[423]

3. Mírzá Muḥammad-ḥasan, frato de Mullá ḥusayn.

4. Mírzá Muḥammad-Báqir, nevo de Mullá ḥusayn. Li, kiel ankaŭ Mírzá Muḥammad-ḥasan, akompanis Mullá ḥusaynon el Búshrúyih al Karbilá kaj el tie al Shíráz, kie ili akceptis la revelacion de Báb kaj estis enskribitaj inter la Literoj de la Vivanto. Escepte de la vojaĝo de Mullá ḥusayn al la kastelo de Máh-Kú, ili daŭre estis kun li ĝis la tempo, kiam ili suferis martiriĝon el la fortikaĵo de ṭabarsí.

5. Bofrato de Mullá ḥusayn, patro de Mírzá `Abu'l-ḥasan jak Mírzá Muḥammad-ḥusayn, kiuj ambaŭ estas nun en Búshrúyih, kaj en kies zorgon estas konfidita la Varaqatu'l-Firdaws, fratino de Mullá ḥusayn. Ambaŭ estas firmaj kaj sindonaj aliĝintoj de la Kredo.

6. Filo de Mullá Aḥmad, pli maljuna frato de Mullá Mírzá Muḥammad. Li, malsimile al sia onklo, Mullá Mírzá Muḥammad suferis martiriĝon kaj, kiel ĉi tiu atestas, estis junulo piega kaj elstaranta pro sia klereco kaj sia honesta karaktero.

7. Mírzá Muḥammad-Báqir, konata kiel Harátí, kvankam antaŭe loĝanto de Qáyin. Li estis proksima parenco de la patro de Nabíl-i-Akbar, kaj estis la unua en Mashhad, kiu akceptis la Aferon. Estis li, kiu konstruis la Bábíyyihon, kaj kiu sindone servis al Quddús dum lia pasloĝo en tiu urbo. Kiam Mullá ḥusayn suprenlevis la Nigran Standardon, li, kune kun sia infano, Mírzá Muḥammad-Káẓim, avide varbiĝis sub lian standardon kaj eliris kun li al Mázindarán. Tiu infano estis fine savita, kaj nun estas fervora kaj agema subtenanto de la Kredo en Mashhad. Estis Mírzá Muḥammad-Báqir, kiu estis la standardisto de la anaro, kiu elpensis la planon de la fortikaĵo, ĝiaj muroj kaj turetoj kaj ĝia ĉirkaŭfosaĵo, kiu, post Mullá ḥusayn, organizis sian kunularon kaj gvidis la atakon kontraŭ la malamiko, kaj kiu estis intima kunulo, vicestro kaj fidinda konsilanto de Quddús ĝis |la horo, kiam li martiriĝis sur la vojo de la Afero.

8. Mírzá Muḥammad-Taqíy-i-Juvayní, naskiĝinto de Sabzihvár, kiu estis konata pro lia literatura scio, kaj al kiu Mullá ḥusayn ofte konfidis la taskon gvidi la atakon kontraŭ la atakantoj. Lia kapo kaj tiu de lia kunulo, Mírzá Muḥammad-Báqir, estis surlancigitaj kaj paradigitaj tra la stratoj de Bárfurúsh, meze de la kriegado de ekscitita popolamaso.

9. Qambar-`Alí, sentima kaj fidela servanto de Mullá ḥusayn, kiu akompanis lin dum lia vojaĝo al Máh-Kú, kaj kiu suferis martiriĝon en la sama nokto, kiam lia majstro viktimiĝis pri la kugloj de la malamiko.

10. ḥasan kaj

11. Qulí, kiu, kune kun viro nomita Iskandar, naskiĝonta de Zanján, portis la korpon de Mullá ḥusayn al la fortikaĵo en la nokto de lia martiriĝo kaj metis ĝin ĉe la piedojn de Quddús. Estis li, tiu sama ḥasan, kiu, pro la ordonoj de la policestro de Mashhad, estis kondukita per ŝnuro tra la stratoj de tiu urbo.

12. Muḥammad-ḥasan, frato de Mullá ṣádiq, kiun la kunuloj de Khusraw mortigis survoje inter Bárfurúsh kaj la fortikaĵo de ṭabarsí. Li distingiĝis pro sia neŝanceliĝa konstanteco, kaj antaŭe estis unu el la servantoj de la sanktejo de la Imám Riḍá.

13. Siyyid Riḍá, kiu, kun Yúsúf-i-Ardibílí, estis komisiita de Quddús renkonti la princon, kaj kiu reportis kun si la sigelitan ekzempleron de la Korano portantan de ĵuron, kiun la princo skribis. Li estis unu el la eminentaj siyyidoj de Khurásán, kaj estis konata pro sia klereco, kiel ankaŭ pro la rekteco de sia karaktero.

14. Mullá Mardán-`Alí, unu el la konataj kunuloj el Khurasan, loĝanto de la urbo Míyámay, estloko de bone fortikigita fortikaĵo lokita inter Sabzihvár kaj Sháh-Rúd. Li; kune kun tridek kunuloj, varbiĝis sub la standardon de Mullá ḥusayn en la tago de ĉi ties trairo tra tiu vilaĝo. Estis en la masjid de Míyámay, en kiun Mullá ḥusayn iris por preĝi la vendredan kongregacian preĝon, ke ĉi tiu eldiris sian kortuŝan alvokon, en |kiu li emfazis la plenumon de la tradicio rilate al la suprenlevo de la Nigra Standardo en Khurásán, kaj en kiu li deklaris sin ĝia portanto. Lia elokventa parolado profunde impresis lian aŭdantaron, tiel ke eĉ en tiu sama tago la plimulto el tiuj, kiuj aŭdis lin, kiuj plimulte estis viroj distingindaj, leviĝis kaj sekvis lin. Postvivis nur unu el tiuj tridek tri kunuloj, Mullá `Isá, kies filoj nuntempe loĝas en la vilaĝo Míyámay, ageme okupiĝantaj je servado al la Afero. La nomoj de la martirigitaj kunuloj de tiu vilaĝo estas jene:

15. Mullá Muḥammad-Mihdí,

16. Mullá Muḥammad-Ja'far,

17. Mullá Muḥammad-ibn-i-Mullá Muḥammad,

18. Mullá Raḥím,

[423] Vidu noton 1, p. …

19. Mullá Muḥammad-Riḍá,

20. Mullá Muḥammad-ḥusayn,

21. Mullá Muḥammad,

22. Mullá Yúsúf,

23. Mullá Ya’qúb,

24. Mullá `Alí,

25. Mullá Zaynu’l-`Ábidín,

26. Mullá Muḥammad, filo de Mullá Zaynu’l-`Ábidín,

27. Mullá Báqir,

28. Mullá `Abdu’l-Muḥammad,

29. Mullá `Abu’l-ḥasan,

30. Mullá Ismá`íl,

31. Mullá `Abdu’l-`Alí,

32. Mullá Áqá-Bábá,

33. Mullá Muḥammad-ḥusayn,

34. Mullá Muḥammad-Báqir,

35. Mullá Muḥammad,

36. Mullá

37. ḥájí ḥasan,

38. Káarbilá’í `Alí,

39. Mullá Káarbilá’í `Alí,

40. Káarbilá’í Núr-Muḥammad,

41. Muḥammad-Ibráhím,

42. Muḥammad-ṣá’im,

43. Muḥammad-Hádí,

44. Siyyid Mihdí,

45. Abú-Muḥammad,

El la kunuloj de la vilaĝo Sang-Sar, kiu formas parton de la distrikto Simnán, dekok estis martirigitaj. Iliaj nomoj estas jenaj:

46. Siyyid Aḥmad, kies kadavro estis elhakita de Mírzá Muḥammad-Taqí kaj la sep ulemoj de Sárí. Li estis konata teologo kaj estimegata pro siaj elokventeco kaj pieco.

47. Mír `Abu’l-Qásim, frato de Siyyid Aḥmad, kiu gajnis la kronon de martireco en la sama nokto, kiam Mullá ḥusayn mortis.

48. Mír Mihdí, patroflanka onklo de Siyyid Aḥmad,

49. Mír Ibráhím, bofrato de Siyyid Aḥmad,

50. ṣafar-`Alí, filo de Káarbilá’í `Alí, kiu kune kun Káarbilá’í Muḥammad, tiel ageme penadis veki la loĝantojn de Sang-Sar el ilia dormo de senatento. Pro sia malforto, ili ambaŭ estis senpovaj iri al la fortikaĵo de ṭabarsí.

51. Muḥammad-`Alí, filo de Káarbilá’í Abú-Muḥammad,

52. `Abu’l-Qásim, frato de Muḥammad-`Alí,

53. Káarbilá’í Ibráhím,

54. `Alí-Aḥmad,

55. Mullá `Alí-Akbar,

56. Mullá ḥusayn-`Alí,

57. `Abbás-`Alí,

58. ḥusayn-`Alí,

59. Mullá `Alí-`Aṣghar,

60. Karbilá'í Ismá'íl,

61. `Alí Khán,

62. Muḥammad-Ibráhím,

63. `Abdu'l-`Aẓím.

El la vilaĝo Shah-Mírzád, du mortfalis defendante la fortikaĵon:

64. Mullá Abú-Raḥím kaj

65. Karbilá'í Káẓim.

Rilate al la aliĝintoj de la Kredo en Mázindarán, dudek sep martiroj estas ĝis nun enskribitaj:

66. Mullá Riḍay-i-Sháh,

67. `Aẓím,

68. Karbilá'í Muḥammad-Ja'far,

69. Siyyid ḥusayn,

70. Muḥammad-Báqir,

71. Siyyid Razzáq,

72. Ustád Ibráhím,

73. Mullá Sa'íd-i-Zirih-Kinárí,

74. Riḍáy-i-`Arab,

75. Rasúl-i-Bahnimírí,

76. Muḥammad-ḥusayn, frato de  Rasúl-i-Bahnimírí,

77. ṭáhir,

78. Sháfi',

79. Qásim,

80. Mullá Muḥammad-Ján,

81. Masíḥ, frato de Mullá Muḥammad-Ján,

82. Iṭá-Bábá,

83. Yúsúf,

84. Faḍlu'lláh,

85. Bábá,

86. ṣafí-Qulí,

87. Niẓám,

88. Rúḥu'lláh,

89. `Alí-Qulí,

90. Sulṭán,

91. Ja'far,

92. Khalíl.

El la kredantoj de Savád-Kúh, la kvin sekvantaj nomoj estas ĝis nun konstatitaj:

93. Karbilá'í Qambar-Kálish,

94. Mullá Nád-`Alíy-i-Mutávallí,

95. `Abdu’l-ḥaqq,

96. Íṭábakí-Chúpán,

97.  Filo de  Íṭábakí-Chúpán.

El la urbeto Ardistán, la jenaj suferis martiriĝon:

98. Mírzá `Alí-Muḥammad, filo de Mírzá Muḥammad-Sa’íd,

99. Mírzá `Abdu’-Vási’, filo de ḥájí `Abdu’l-Vahháb,

100. Muḥammad-ḥusayn, filo de ḥájí Muḥammad-ṣádiq,

101. Muḥammad-Mihdí, filo de ḥájí Muḥammad-Ibráhím,

102. Mírzá Aḥmad, filo de Muḥsin,

103. Mírzá Muḥammad, filo de Mír Muḥammad-Taqí.

El la urbo Iṣfáhán, tridek estas ĝis nun enskribitaj:

104. Mullá Ja’far, la tritikokribristo, kies nomo estas menciita de Báb en la persa Bayán.

105. Ustád Áqá, alnomita Buzurg-Banná,

106. Ustád ḥasan, filo de Ustád Áqá,

107. Ustád Muḥammad, filo de Ustád Áqá,

108. Muḥammad-ḥusayn, filo de Ustád Áqá, kies pli juna frato Ustád Ja’far estis vendita kelkafoje de siaj malamikoj ĝis li atingis sian naskiĝurbon, kie li nun loĝadas.

109. Ustád Qurbán-`Alíy-i-Banná,

110. `Alí-Akbar, filo de Ustád Qurbán-`Alíy-i-Banná,

111. `Abdu’lláh, filo de Ustád Qurbán-`Alíy-i-Banná,

112. Muḥammad-i-Báqir-Naqsh, patrinflanka onklo de Siyyid Yaḥyá, filo de Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí.  Li havis dekkvar jarojn kaj martiriĝis en la sama nokto, kiam Mullá ḥusayn mortis.

113. Mullá Muḥammad-Taqí,

114. Mullá Muḥammad-Riḍá, ambaŭ fratoj de la mortinta `Abdu’s-ṣáliḥ, ĝardenisto de la Riḍván en `Akká.

115. Mullá Aḥmad-i-Saffár, [\P422]

116. Mullá ḥusayn-i-Miskar,

117. Aḥmad-i-Payvandí,

118. ḥasan-i-Sha’r-Báf-i-Yazdí,

119. Muḥammad-Taqí,

120. Muḥammad -`Aṭṭár, frato de ḥasan-i-Sha’r-Báf,

121. Mullá `Abdu’l-Kháliq, kiu tranĉis la gorĝon en Badasht kaj kiun ṭáhirih nomis Dhabíh.

122. ḥusayn,

123. `Abu’l-Qásim, frato de ḥusayn,

124. Mírzá Muḥammad-Riḍá,

125. Mullá ḥaydar, frato de Mírzá Muḥammad-Riḍá,

126. Mírzá Mihdí,

127. Muḥammad-Ibráhím,

128. Muḥammad-ḥusayn, alnomita Dastmál-Girih-Zan,

129. Muḥammad-ḥasan-i-Chít-Sáz, bone konata drapfabrikisto, kiu atingis la ĉeeston de Báb.

130. Muḥammad-ḥusayn-i-`Aṭṭár,

131. Ustád ḥájí Muḥammad-i-Banná,

132. Maḥmúd-i-Muqári'í, konata drapvendisto. Li estis ĵusdeziĝinta kaj atingis la ĉeeston de Báb en la kastelo de Chihríq. Báb instigis

lin iri al la Jazíriy-i-Khadrá kaj helpi al Quddús. En ṭihrán, li ricevis leteron de sia frato, kiu anoncis naskiĝon de filo kaj petegis lin rapidi al Iṣfáhán por vidi lin, kaj tiam iri kien ajn li dezirus. *"Mi estas tro multe flamigita,"* li respondis, *"de la amo de ĉi tiu Afero, por ke mi povu dediĉi ian atenton al mia filo. Mi estas senpacienca kuniĝi kun* Quddús *kaj varbiĝi sub lian standardon."*

133. Siyyid Muḥammad-Riḍáy-i-Pá-Qal'iyí, eminenta siyyid kaj ege estimata teologo, kies deklarita intenco varbiĝi sub la standardon de Mullá ḥusayn okazigis grandan tumulton inter la ulemoj de Iṣfáhán.

Inter la kredantoj de Shíráz, la jenaj atingis rangon de martireco:

134. Mullá `Abdu'lláh, konata ankaŭ per la nomo Mírzá ṣáliḥ,

135. Mullá Zaynu'l-`Ábidín,

136. Mírzá Muḥammad.

El la aliĝintoj de la Kredo en Yazd, nur kvar estas ĝis nun enskribitaj:

137. La siyyid, kiu piediris la tutan vojon el Khurásán al Bárfurúsh, kie li viktimiĝis pro kuglo de la malamiko.

138. Siyyid Aḥmad, patro de Siyyid ḥusayn-i-`Azíz, diktaskribisto de Báb,

139. Mírzá Muḥammad-`Alí, filo de Siyyid Aḥmad, kies kapo estis forigita de kuglego dum li estis staranta ĉe la enirejo de la fortikaĵo, kaj kiu, pro sia juna aĝo, estis ege amata kaj admirata de Quddús.

140. Shaykh `Alí, filo Shaykh `Abdu'l-Kháliq-i-Yazdí, loĝanto de Mashhad, junulo, kies entuziasmo kaj senlaca energio estis multe laŭdataj de Mullá ḥusayn kaj Quddús.

El la kredantoj de Qazvín, la jenaj estis martirigitaj:

141. Mírzá Muḥammad-`Alí, konata teologo, kies patro, ḥájí Mullá `Abdu'l-Vahháb, estis unu el la plej eminentaj mujtahidoj en Qazvín. Li atingis la ĉeeston de Báb en Shíráz, kaj estis enskribita kiel unu el la Literoj de la Vivanto.

142. Muḥammad-Hádí, konata komercisto, filo de ḥájí `Abdu'l-Karím, alnomita Bághbán-Báshí,

143. Siyyid Aḥmad,

144. Mírzá `Abdu'l-Jalíl, konata teologo,

145. Mírzá Mihdí.

146. El la vilaĝo Lahárd, viro nomita ḥájí Muḥammad-`Alí, kiu multe suferis rezulte de la murdo de Mullá Taqí en Qazvín.

El la kredantoj de Khúy, la jenaj suferis martiriĝon:

147. Mullá Mihdí, eminenta teologo, kiu antaŭe estis unu el la estimataj disĉiploj de Siyyid Káẓim. Li estis konata pro sia klereco, sia elokventeco, kaj sia fervora kredo.

148. Mullá Maḥmúd-i-Khu'í, frato de Mullá Mihdí, unu el la Literoj de la Vivanto kaj eminenta teologo.

149. Mullá Yúsúf-i-Ardibílí, unu el la Literoj de la Vivanto, konata pro sia klereco, siaj entuziasmo kaj elokventeco. Estis li, kiu ekscitis la antaŭtimon de ḥájí Karím Khán ĉe sia alveno al Kirmán, kaj kiu terurigis la korojn de siaj kontraŭuloj. *"Ĉi tiu viro,"* oni aŭdis ḥájí Karím Khán diri al sia kongregacio, *"devos esti elpelita el ĉi tiu urbeto, ĉar se li estos permesita resti, li certe okazigos la saman tumulton en* Kirmán *kian li jam faris en* Shíráz*. La malutilo, kiun li suferigos, estos neriparebla. La magio de lia elokventeco kaj la forto de lia personeco, se ili ne superas jam tiujn de* Mullá ḥusayn*, certe ne malsuperas ilin."* Tiamaniere li sukcesis devigi al li, ke li mallongigu sian restadon en Kirmán kaj malebligi al li alparoli la homojn el la katedro. Báb faris al li la jenajn instrukciojn: *"Vizitu la rubetojn kaj urbojn de Persujo kaj alvoku iliajn loĝantarojn al la Afero de Dio. La unuan tagon de la monato* Muḥarram *en la jaro 1265 p.H.,*[*427] *estu en* Mázindarán *leviĝu helpi ĉielpove al* Quddús*."* Mullá Yúsúf, fidela al la instrukcioj de sia Majstro, rifuzis resti pli ol semajnon en iu ajn urbeto kaj urbo, kiun li vizitis. Alveninte en Mázindaránon, li estis kaptita de la militistaro de princo Mihdí-Qulí Mírzá, kiu tuj rekonis lin kaj ordonis, ke oni malliberigu lin. Li estis fine liberigita, kiel ni jam vidis, de la kunuloj de Mullá ḥusayn en la tago de la batalo de Vás-Kas.

150. Mullá Jalíl-i-Urúmí, unu el la Literoj de la Vivanto, konata pro sia klereco, sia elokventeco, kaj persistema kredo.

---

[*427] 27. Novembro, 1848 p.Kr.

151. Mullá Aḥmad, loĝanto de Marághih, unu el la Literoj de la Vivanto, kaj eminenta disĉiplo de Siyyid Káẓim.

152. Mullá Mihdíy-i-Kandí, intima kunulo de Bahá'u'lláh, kaj guvernisto de la infanoj de Lia domanaro.

153. Mullá Báqir, frato de Mullá Mihdí, kiuj ambaŭ estis sufiĉe grandaj kleruloj, al kies ega klereco Bahá'u'lláh atestas en la "Kitáb-i-Íqán."

154. Siyyid Káẓim, loĝanto de Zanján, kaj unu el ĝiaj konataj komercistoj. Li atingis la ĉeeston de Báb en Shíráz, kaj akompanis Lin al Iṣfáhán. Lia frato, Siyyid Murtaḍá, estis unu el la Sep martiroj de ṭihrán.

155. Iskandar, ankaŭ loĝanto de Zanján, kiu, kune kun ḥasan kaj Qulí, portis Mullá ḥusayn al la fortikaĵo.

156. Ismá'íl,

157. Karbilá'í `Abdu'l-`Alí,

158. `Abdu'l-Muḥammad,

159. ḥájí `Abbás,

160. Siyyid Aḥmad – ĉiuj loĝantoj de Zanján.

161. Siyyid ḥusayn-i-Kuláh-Dúz, loĝanto de Bárfurúsh, kies kapo estis surlancigita kaj paradportita tra ĝiaj stratoj.

162. Mullá ḥasan-i-Rashtí,

163. Mullá ḥasan-i-Bayájmandí,

164. Mullá Ni'matu'lláh-i-Bárfurúshí,

165. Mullá Muḥammad-Taqíy-i-Qarákhílí,

166. Ustád Zaynu'l-`Ábidín,

167. Ustád Qásim, filo de Ustád Zaynu'l-`Ábidín,

168. Ustád `Alí-Akbar, frato de Ustád Zaynu'l-`Ábidín.

La tri lastnomitaj estis masonistoj, estis naskiĝintoj de Kirmán, kaj loĝis en Qáyin en la provinco Khurásán.

169 kaj 170. Mullá Riḍay-i-Sháh kaj junulo el Bahnimír estis mortigitaj du tagojn post kiam Quddús forlasis la fortikaĵon, en la Panj-Shanbih-Bázár de Bárfurúsh. ḥájí Mullá Muḥammad-i-ḥanyih, alnomita Sharí'at-Madár, sukcesis enterigi iliajn kadavrojn en la ĉirkaŭaĵo de la Masjid-i-Káẓim-Big, kaj instigi, ke ilia murdinto pentu kaj pardonpetu.

171. Mullá Muḥammad-i-Mu'allim-i-Núrí, intima kunulo de Bahá'u'lláh kiu intime kunestis kun Li en Núr, en ṭihrán, kaj en Mázindarán. Li estis konata pro siaj inteligenteco kaj klereco, kaj estis subigita, kun escepto nur de Quddús, al la plej severaj kruelegoj, kiuj iam okazis al defendanto de la fortikaĵo de ṭabarsí. La princo promesis, ke li liberigus lin, kondiĉe ke li malbenegu la nomon de Quddús, kaj promesis, ke, se li volus malkonfesi, li rekondukus lin kun si al ṭihrán kaj elektus lin guvernisto de siaj filoj. *"Neniam mi konsentos,"* li respondis, *"malnobligi la amaton de Dio ĉe ordono de tia viro, kia estas vi. Eĉ se vi donacus al mi la tutan reĝolandon Persujo, mi ne deturnus mian vizaĝon eĉ momente de mia amata ĉefo. Mia korpo estas je via senkompato, mian animon vi estas senpova venki. Turmentu min laŭ via volo, por ke mi povu elmontri al vi la verecon de la verso, `Tiam, deziru al morton, se vi estas viroj de vero.'"* [*428] La princo, furiozigita de lia respondo, ordonis, ke lia korpo estu elhakita, kaj ke oni des pli multe penu suferigi sur lin plej malaltigan punon.

172. ḥájí Muḥammad-i-Karrádí, kies hejmo estis lokita en unu el la palmaretoj apud la malnova urbo Baghdád, viro de granda kuraĝo, kiu batalis kaj gvidis cent soldatojn dum la milito kontraŭ paŝaho Ibráhím de Egiptujo. Li estis fervora disĉiplo de Siyyid Káẓim, kaj estis aŭtoro de longa poemo, en kiu li longe priparolis la virtecon kaj indecon de la siyyid. Li havis sepdek du jarojn, kiam li akceptis la Kredon de Báb, kiun li same laŭdis en elokventa kaj detala poemo. Li distingiĝis per siaj heroaj agoj dum la sieĝo de la fortikaĵo, kaj fine viktimiĝis pro la kugloj de la malamiko.

173. Sa'íd-i-Jabbáví, naskiĝinto de Baghdád, kiu elmontris eksterordinaran kuraĝon dum la sieĝo. Kuglo trafis lian ventron, kaj, kvankam forte fundita, tamen li sukcesis piediri ĝis li atingis la ĉeeston de Quddús. Li ĝoje ĵetis sin ĉe liajn piedojn kaj mortis.

La detaloj pri la martiriĝo de ĉi tiuj du kunuloj estis rakontitaj en komuniko al Bahá'u'lláh de Siyyid Abú-ṭálib-i-Sang-Sarí, unu el tiuj, kiuj postvivis tiun memorindan sieĝon. En ĝi li alskribas sian propran historion, kiel ankaŭ tiun de siaj du fratoj, Siyyid Aḥmad kaj Mír `Abu'l-Qásim, kiuj ambaŭ estis martirigitaj dum ili estis defeendantaj la fortikaĵon. *"En la tago, kiam Khusraw estis mortigita,"* li skribis, *"mi okaze estis gasto de certa Karbilá'í `Alí-Ján, la kad-khudá* [*429]

[*428] Korano, 9:94 .

[*429] Vidu la Glosaron.

*de unu el la vilaĝoj en la ĉirkaŭaĵo de la fortikaĵo. Li estis irinta helpi protekti* Khusrawon*, kaj estis reveninta kaj rakontanta al mi la detalojn pri lia morto. En tiu sama tago, sendito informis min, ke du araboj alvenis al tiu vilaĝo kaj deziras kuniĝi kun la okupantoj de la fortikaĵo. Ili esprimis sian timon pri la loĝantoj de la vilaĝo* Qádí-Kalá*, kaj promesis, ke ili sufiĉe pagus al kiu ajn volus konduki ilin al ilia vojaĝocelo. Mi rememoris la konsilojn de mia patro,,* Mír Muḥammad-`Alí*, kiu admonis al mi leviĝi kaj helpi antaŭenigi la Aferon de* Báb*. Mi tuj decidis kapti la okazon, kiu prezentis sin al mi, kaj, kune kun ĉi tiuj du araboj, kaj kun la helpo de la* kad-khudá*, mi atingis la fortikaĵon, renkontis* Mullá ḥusaynon*, kaj decidis dediĉi la restantajn tagojn de mia vivo al servado al la Afero, kiun li elektis sekvi."*

La nomoj de kelkaj el la oficiroj, kiuj distingiĝis inter la kontraŭuloj de la kunuloj de Quddús estas jene:

1. Princo Mihdí-Qulí Mírzá, frato de la mortinta ŝaho Muḥammad,

2. Sulaymán Khán-i-Afshár,

3. ḥájí Muṣṭafá Khán-i-Súr-Tíj,

4. `Abdu'lláh Khán, frato de ḥájí Muṣṭafá Khán,

5. `Abbás-Qulí Khán-i-Laríjaní, kiu pafmortigis Mullá ḥusaynon,

6. Núru'lláh Khán-i-Afghán,

7. ḥabíbu'lláh Khán-i-Afghán,

8. Dhu'l-Faqár Khán-i-Karávulí,

9. `Alí-`Aṣghar Khán-i-Du-Dungi'í,

10. Khudá-Murád Khán-i-Kurd,

11. Khalíl Khán-i-Savád-Kúhí,

12. Ja'far-Qulí Khán-i-Surkh-Karri'í,

13. La Sartíp de la Fawj-i-Kalbát,

14. Zakaríyyáy-i-Qádí-Kalá'í, kuzo de Khusraw, kaj lia posteulo.

Rilate al tiuj kredantoj, kiuj partoprenis tiun memorindan sieĝon kaj postvivis ĝian tragedian finon, mi ĝis nun ne povis plene certiĝi pri aŭ iliaj nomoj aŭ ilia nombro. Mi kontentiĝis per reprezentiga, tamen neplena listo de la nomoj de ĝiaj martiroj, esperante, ke estonte la bravaj antaŭenigantoj de la Kredo leviĝos plenigi tiun ĉi malplenaĵon, kaj, per siaj esplorado kaj diligento, povos plibonigi la senperfektaĵojn de ĉi tiu tute nesufiĉa priskribo pri tio, kio devas ĉiam resti unu el la plej kortuŝaj epozodoj de la moderna epoko.

## *Ĉapitro XXI*
## *La Sep Martiroj de ṭihrán*

La novaĵo pri la tragedia sorto, kiu okazis al la herooj de ṭabarsí, portis nemeyureblan malĝojon al la koro de Báb. Malliberigita en sia malliberejo-kastelo de Chihríq, apartigita de la anareto de siaj batalantaj disĉiploj, Li observadis kun ega maltrankvilo la progreson de iliaj laboroj kaj preĝis kun senĉesa fervoro por ilia triumfo. Kiel granda estis Lia malĝojo, kiam, en la fruaj tagoj de Sha`bán en la jaro 1265 p.H.,[424] Li informiĝis pri la suferoj, kiuj persekutis ilian vojon, pri la angoro, kiun ili suferis, pri la perfido, al kiu kolerega malamiko sentis sin devigita turni, kaj pri la abomena buĉado, per kiu ilia kariero finiĝis.

"Báb estis korpremita," Lia diktaskribisto, Siyyid ḥusayn-i-`Azíz, poste rakontis, "ĉe la ricevo de ĉi tiu neatendita novaĵo. Malĝojo subpremis Lin, malĝojo, kiu silentigis Lian voĉon kaj senmovigis Lian plumon. Dum naŭ tagoj Li rifuzis akcepti siajn amikojn. Eĉ mi, Lia intima kaj konstanta deĵoranto, ne estis enlasita. Ĉiun manĝaĵon aŭ trinkaĵon, kiun ni provizis al Li, Li neinklinis tuŝi. Larmoj fluadis el Liaj okuloj, kaj esprimoj de angoro aŭdiĝis senĉese el Liaj lipoj. Mi povis aŭdi Lin de malantaŭ la kurteno, kiel Li eligis siajn sentojn de malĝojo dum Li komuniiĝis kun sia Amato en la privateco de sia karcero. Mi provis noti la elverŝojn de Lia malĝojo dum ili elfluis el Lia vundita koro. Suspektante, ke mi provas knoservi la plorvortojn, kiujn Li eldiris, Li ordonis, ke mi detruu ĉion, kion mi skribis. Nenio restas el la ĝemoj kaj krioj, per kiuj tiu ŝarĝita koro provis malpeziĝi je la ekdoloregoj, kiuj kaptis ĝin. Kvin monatojn Li malviglitĝis, enprofundiĝinta en oceano de melankoliego kaj malĝojo."

[424] 22. Junio - 21. Julio, 1849 p.Kr.

Ĉe la alveno de Muḥarram en la jaro 1266 p.H.,[425] Báb denove komencis la laboron, kiun Li estis devigita interrompi. La unua paĝo, kiun Li verkis, estis dediĉita al la memoro de Mullá ḥusayn. En la vizita Tabuleto revelaciita je ties honoro, Li laŭdis per kortuŝaj vortoj la neflankiĝantan fedelon, per kiu li servis Quddúson dum la tuta sieĝo de la fortikaĵo de ṭabarsí. Li superŝutis per siaj laŭdoj lian grandaniman sintenadon, rakontis liajn heroaĵojn, kaj asertis lian senduban reuniĝon en la proksima mondo kun la ĉefo, kiun li tiel noble servis. Li ankaŭ, Li skrigis, baldaŭ kuniĝos kun tiuj duopaj senmortuloj, kiu el kiuj, per sia vivo kaj morto, superŝutis per daŭra gloro la Kredon de Dio. Dum unu tuta semajno Báb daŭris skribi siajn laŭdojn pri Quddús, pri Mullá ḥusayn, kaj pri siaj aliaj kunuloj, kiuj gajnis la kronon de martireco ĉe ṭabarsí.

Tuj kiam Li finis siajn laŭdojn pri tiuj, kiuj eternigis siajn nomojn defendante la fortikaĵojn, Li alvokis en la tago `Áshúrá,[426] Mullá Ádí-Guzalon,[427] unu el la kredantoj el Marághih, kiu dum la pasintaj du monatoj funkciis kiel Lia deĵoranto anstataŭ Siyyid ḥasan, frato de Siyyid ḥusayn-i-`Azíz. Li akceptis lin korinkline, donacis al li la nomon Sayyáḥ, konfidis al lia zorgo la vizitajn Tabuletojn, kiujn Li revelaciis je memoro de la martiroj de ṭabarsí, kaj ordonis lin plenumi pro Li pilgrimadon al tiu loko. "Leviĝu," Li instigis lin, "kaj kun plena sindediĉo iru, vestita kiel vojaĝanto, al Mázindarán, kaj tie vizitu pro Mi la lokon, kiu konservas la kadavrojn de tiuj senmortuloj, kiuj per sia sango sigelis sian kredon je Mia Afero. Alproksimiĝante al la limoj de tiu sanktigita tero, demetu viajn ŝuojn kaj, kapoklinite je respekto al ilia memoro, alvoku iliajn nomojn kaj preĝeme ĉirkaŭiru ilian sanktejon. Reportu al Mi kiel memoraĵon de via vizito plenmanon de tiu sankta tero, kiu kovras la kadavrojn de Miaj amatoj. Quddús kaj Mullá ḥusayn. Penu reveni antaŭ la tago Naw-Rúz, por ke vi povu soleni kun Mi tiun feston, kredeble la lasta, kiun Mi iam vidos denove."

Fidela al la instrukcioj, kiujn li ricevis, Sayyáḥ ekpilgrimis al Mázindarán. Li atingis sian vojaĝocelon en la unua tago de Rabí`u'l-Avval en la jaro 1266 p.H.,[428] kaj la naŭan tagon de tiu sama monato,[429] la unua datreveno de la martiriĝo de Mullá ḥusayn, li faris sian viziton kaj plenumis la mision konfiditan al li. El tie li iris al ṭihrán.

Mi aŭdis Áqáy-i-Kalímon, kiu akceptis Sayyáḥon ĉe la enirejo de la hejmo de Bahá'u'lláh en ṭihrán, rakonti la jenon: "Estis mezvintre, kiam Sayyáḥ, revenante de sia pilgrimado, venis viziti Bahá'u'lláhon. Malgraŭ la malvarmo kaj neĝo de severega vintro, li aperis nesufiĉe vestita en kostumo de derviŝo, nudpieda, kaj malordigita. Lia koro flamiĝis per la fajro, kiun tiu pilgrimado ekbruligis. Tuj kiam Siyyid Yaḥyáy-i-Dárábí, alnomita Vaḥíd, kiu tiutempe estis gasto en la hejmo de Bahá'u'lláh, ricevis informon pri la reveno de Sayyáḥ de la fortikaĵo de ṭabarsí, forgesema pri la pompo kaj parado kutimaj por tia altrangulo, kia estis li, li alkuregis kaj ĵetis sin ĉe la piedojn de la pilgrimanto. Ĉirkaŭbrakumante liajn krurojn, kiuj estis kotokovritaj ĝis la genuoj, li pie kisis ilin. Mi miregis tiutage pri la multaj signoj de amzorgemo, kiujn Bahá'u'lláh evidentigis al Vaḥíd. Li montris al li tiajn favorojn, kiajn mi neniam vidis Lin fari al iu. La maniero de Lia konversacio lasis nenian dubon en mi, ke ĉi tiu sama Vaḥíd antaŭ nelonge distingiĝos per faroj ne malpli rimarkindaj, ol tiuj, kiuj eternigis la defendantojn de la fortikaĵo de ṭabarsí.

Sayyáḥ restis kelkajn tagojn en tiu hejmo. Tamen, li ne povis vidi, kiel vidis Vaḥíd, la karakteron de tiu potenco, kiu estis kaŝita en lia Gastiganto. Kvankam mem ricevanto de pleja favoro de Bahá'u'lláh, li ne povis kompreni la signifon de la benoj superŝutantaj lin. Mi aŭdis lin rakonti siajn travivaĵojn, dum lia pasloĝo en Famagusta: "Bahá'u'lláh superŝutis min per sia bonkoreco. Rilate al Vaḥíd, malgraŭ la eminenteco de lia rango, li ĉiam permesis al mi antaŭecon antaŭ si, kiam ajn ni estis en Lia ĉeesto. En la tago de mia alveno el Mázindarán, li eĉ kisis miajn piedojn. Mi miregis pri la akcepto montrita al mi en tiu hejmo. Kvankam enprofundiĝinta en oceano de bonfaremo, tamen en tiuj tagoj mi ne komprenis la postenon, kiun Bahá'u'lláh okupis tiutempe, kaj mi ne povis suspekti eĉ iomete la karakteron de la Misio, kiun Li estis destinita plenumi."

Antaŭ la foriro de Sayyáḥ el ṭihrán, Bahá'u'lláh konfidis al li epistolon, kies tekston Li diktis al Mírzá Yaḥyá,[430] kaj sendis ĝin en lia nomo. Baldaŭ poste venis respondo, skribita per la mano de Báb mem, en kiu Li konfidas Mírzá Yaḥyáon al la zorgemo de Bahá'u'lláh kej instigas, ke oni atentu liajn edukadon kaj kultoron. Tiun komunikon la anoj de la Bayán[431] mistradukis kiel signon de la troigitaj pretendoj,[432] kiujn ili prezentis favore al sia ĉefo. Kvankam la teksto

---

[425] 17. Novembro – 17 Decembro, 1849 p.Kr.

[426] La dekan de Muḥarram, la datreveno de la martiriăo de Imám ḥusayn, kiu en tiu jaro okazis la 26an de novembro, 1849 p.Kr.

[427] Laů la "Kašľfu'l-Řľiṭá" (p.241), lia tuta nomo estis Mírzá `Alíy-i-Sayyáḥ-i-Marářľih'í. Li deŕris kiel servanto de Báb en Máh-Kú, rangis inter Liaj őefaj kunuloj, kaj poste akceptis la Revelacion de Bahá'u'lláh.

[428] 15. Januaro, 1850 p.Kr.

[429] 23. Januaro, 1850 p.Kr.

[430] Alnomita ṣubḥ-i-Azal.

[431] Sekvantoj de Mírzá Yaḥyá.

[432] "La pretendoj de ői tiu junulo baziăis sur dokumento de nomigo nunposedata de Prof. Browne, kaj estas subtenitaj per letero donita en franclingva formo de s-ro Nicolas. Tamen, falsado ludis tiel grandan rolon en skribitaj dokumentoj de la Oriento, ke mi hizitas garantii la malfalsecon de ői tiu nomigo. Kaj mi opinias, ke estas tre nekredeble, ke iu aro da ege fervoraj anoj estus akceptinta la dokumenton prefere, ol la pruvon de sia propra scio rilate al la nesufiőa genio de ṣubḥ-i-Azal... Estas kredeble, ke la aranăo jam farita estis pli sankciita, t.e., ke Bahá'u'lláh dum la nuna tempo private estru la aferojn kaj ekzercu sian grandan talenton kiel instruanto, dum ṣubḥ-i-Azal (vanta junulo) donis sian nomon kiel ěajna estro, precipe rilate al fremduloj kaj reprezentantoj de la registaro." ("La Akordiăo inter Gentoj Kaj Religioj," de d-ro T.K.Cheyne, pp. 118-19.)

de tiu respondo estas absolute sen tiaj pretendoj, kaj ne enhavas ian aludon al lia pretendita posteno krom la laŭdoj, per kiuj ĝi superŝutas Bahá'u'lláhon, kaj ĝia peto por la edukado de Mírzá Yaḥyá, tamen liaj sekvantoj vane imagis, ke tiu letero certigas aserton pri la aŭtoritato, kiun ili rajtigis al li.[433]

ĉi punkto de mia historio, kiam mi jam rakontis la elstarantajn okazintaĵojn, kiuj okazis dum la jaro 1265 p.H.,[434] mi memoras, ke tiu sama jaro vidis la plej gravan okazaĵon de mia propra vivo, okazaĵo, kiu signis mian spiritan renaskiĝon, mian liberiĝon el la katenoj de la pasinteco, kaj mian akcepton de la sciigo de ĉi tiu Revelacio. Mi petas indulgon de la leganto se mi priskribas tro longe la cirkonstancojn de mia frua vivo, kaj rakontas tro detale la okazintaĵojn, kiuj kondukis al mia konvertiĝo. Mia patro apartenis al la tribo ṭáhiríh, kiu vivis nomadan vivon en la provinco Khurásán. Lia nomo estis Ghulám `Alí, filo de ḥusayn-i-`Arab. Li edziĝis kun filino de Kalb-`Alí, kaj pere de ŝi havis tri filojn kaj tri filinojn. Mi estis lia dua filo, kaj oni nomis min Yár-Muḥammad. Mi naskiĝis la dekokan de ṣafar en la jaro 1247 p.H.,[435] en la vilaĝo Zarand. Mi estis ŝafisto, kaj en miaj fruaj tagoj oni permesis al mi plej elementan edukadon. Mi sopiris dediĉi pli multan tempon al miaj studoj, sed mi ne povis fari tion pro la urĝecoj de mia situacio. Mi legis avide la Koranon, lernis parkere kelkajn el ĝiaj eltiraĵoj, kaj psalmokantis ilin dum mi sekvis mian gregon tra la kampoj. Mi ŝategis solecon, kaj nokte mi rigardadis la stelojn kun ravo kaj miro. En la kvieto de la dezerto mi recitis certajn preĝojn atribuitajn al Imám `Alí, la Komandanto de la Kredantoj, kaj, rigardante al la Qiblih,[436] petegis la Plejpotenculon, ke Li gvidadu miajn paŝojn kaj ebligu al mi trovi la Veron.

Mia patro ofte venigis min kun si al Qum, kie mi konatiĝis kun la instruoj de Islámo kaj la kutimoj kaj moroj de ĝiaj ĉefoj. Li estis pia sekvanto de tiu Kredo, kaj intime kunestis kun la eklezaj ĉefoj, kiuj kunvenis en tiun urbon. Mi observadis lin dum li preĝis en la Masjid-i-Imám-ḥasan kaj plenumis kun konscienca atento kaj ega pieco ĉiujn ritojn kaj ceremoniojn ordonitajn de sia Kredo. Mi aŭdis la predikadojn de kelkaj eminentaj mujtahidoj, kiuj alvenis el Najaf, ĉeestis iliajn prelegojn, kaj aŭskultis al iliaj polemikoj. Iom post iom mi sentis ilian malsincerecon kaj malŝategis la malvirtecon de ilia karaktero. Kvankam mi estis avida konstati la fidindecon de la kredoj kaj dogmoj, kiujn ili strebis devigi al mi, mi povis nek trovi la tempon nek havigi la faciligaĵojn por satigi mian deziron. Ofte mia patro riproĉis min pro miaj troriskemo kaj maltrankvilo. "Mi timas", li ofte rimarkigis, "ke via malŝato por ĉi tiuj mujtahidoj iam implikos vin en grandajn malfacilaĵojn kaj portos al vi riproĉon kaj honton."

Mi estas en la vilaĝo Rubát-Karím, vizitante mian patrinflankan onklon, kiam, en la dekdua tago post Naw-Rúz, en la jaro 1263 p.H.,[437] mi hazarde subaŭdis en la masjid de tiu vilaĝo konversacion inter du viroj, kiu unue konatigis al mi la Revelacion de Báb. "Ĉu vi aŭdis", unu el ili rimarkigis, "ke Siyyid-i-Báb estas kondukita al la vilaĝo Kinár-Gird kaj estas survoje al ṭihrán?" Trovinte sian amikon nescianta pri tiu epizodo, li ekrakontis la tutan historion pri Báb, detale priskribante la circonstancojn rilate al Lia Deklaro, Lia aresto en Shíráz, Lia foriro al Iṣfáhán, la akcepto, kiun kaj la Imám-Jum`ih kaj Manúchihr Khán montris al Li, la multaj miregindaĵoj, kiujn Li evidentigis, kaj la verdikto, kiun la ulemoj de Iṣfáhán eldiris kontraŭ Li. Ĉiu detalo de tiu historio ekscitis mian scivolon kaj vekis en mi egan admiron por Viro, kiu povis tiel ensorĉi siajn samlandanojn. Lia lumo ŝajnis superverŝi mian animon; mi sentis kvazaŭ mi jam estus konvertito al Lia Afero.

El Rubát-Karím mi reiris al Zarand. Mia patro rimarkis mian maltrankvilon kaj esprimis sian surprizon pri mia konduto. Mi perdis miajn apetiton kaj dormon, kaj decidis kaŝi de mia patro la sekreton de mia interna maltrankvilo, por ke ĝia malkaŝo ne malebligu la finan plenumon de miaj esperoj. Mi restis en tiu stato ĝis certa Siyyid ḥusayn-i-Zavári'í alvenis al Zarand kaj povis klarigi al mi temon, kiu iĝis la reganta pasio de mia vivo. Nia konatiĝo rapide fariĝis amikeco, kiu kuraĝigis min konfidi al li la sopirojn de mia koro. Je mia granda surprizo mi trovis lin jam ravita pri la sekreto de la temo, kiun mi komencis malkaŝi al li. "Unu el miaj kuzoj," li ekrakontis, "Siyyid Ismá`íl-i-Zavari'í laŭnome, konvinkis min pri la vero de la Revelacio proklamita de Siyyid-i-Báb. Li informis min, ke kelkafoje li renkontis Siyyid-i-Bábon en la domo de la Imám-Jum`ih de Iṣfáhán, kaj vidis Lin efektive revelacii en la ĉeesto de sia gastiganto komentarion pri la Súrih de Va'l-`Aṣr.[438] La rapideco de la verkado de Báb, kaj la potenco kaj originaleco de Lia stilo, ekscitis liajn surprizon kaj admiron. Li miris vidi, ke, revelaciente sian komentarion kaj ne malrapidigante sian skribadon, Li povis respondi al ĉiuj demandoj, kiujn la ĉeestantoj sentis sin instigitaj fari al Li. La sentimo, per kiu mia kuzo leviĝis prediki la Revelacion, ekscitis la malamikecon de la kad-khudáoj[439] kaj siyyidoj de Zavárih, kuj devigis lin reiri al Iṣfáhán, kie li estis loĝanta tiutempe. Mi ankaŭ, senpova resti en Zavárih, foriris al Káshán, en kiu urbeto mi pasigis la vintron kaj konatiĝis kun ḥájí Mírzá Jání, pri kiu mia kuzo jam parolis, kaj kiu donis al mi traktaĵon verkitan de Báb, nomitan "Risálíy-i-`Adlíyyih", instigante, ke mi legu ĝin atente kaj redonu ĝin al li post kelkaj tagoj. Mi tiel raviĝis per la temo

[433] "Mi solene petas vin je Dio, la Sola, la Potenca, la Ĉiopova, ke vi pripensadu en via koro tiujn skribaĵojn, kiuj estis senditaj en lia (de Mírzá Yaḥyá) nomo al la Unua Punkto (Báb), por ke vi povu ekkoni kaj distingi kiel la evidentan sunon la signojn de la Verulo." ("Epistolo al Filo de Lupo", p.125.)

[434] 1848 p.Kr.

[435] 29. Julio, 1831 p.Kr.

[436] Vidu la Glosaron.

[437] 1847 p.Kr.

[438] Korano, 103.

[439] Vidu la Glosaron.

kaj stilo de tiu traktaĵo, ke mi tuj ekkopiis la tutan tekston. Kiam mi redonis ĝin al ĝia posedanto, je mia ega bedaŭformis min, ke mi ĵus persdis la okazon renkonti ĝian Aŭtoron. 'Siyyid-i-Báb mem' li diris, 'alvenis en la antaŭvespero de la tago Naw-Rúz kaj pasigis tri noktojn kiel Gasto en mia hejmo, Li estas nun survoje al ṭihrán, kaj se vi iros tij, vi certe kuratingos Lin.' Tuj mi leviĝis kaj foriris, piedirante la tutan vojon el Káshán ĝis fortikaĵo proksime al Kinár-Gird. Mi estis ripozanta sub la ombro de ĝiaj muroj, kiam afablaspekta viro elvenis el tiu fortikaĵo kaj demandis al mi, kiu mi estas kaj kien mi iras. 'Mi estas malriĉa siyyid,' mi respondis, 'vojiranto kaj fremdulo en ĉi tiu loko.' Li kondukis min al sia hejmo kaj invitis min pasigi la noktон kiel lia gasto. Dum sia konversacio kun mi li diris: 'Mi suspektas vin esti sekvanto de la Siyyid, kiu restis kilkajn tagojn en ĉi tiu fortikaĵo, el kie Li estis transkondukita al la vilaĝo Kulayn, kaj kiu antaŭ tri tagoj foritis al Ádhirbáyján. Mi konsideras min kiel unu el Liaj aliĝintoj. Mia nomo estas ḥájí Zaynu'l-`Ábidín. Mi intencis ne disiĝi de Li, sed Li ordonis al mi resti en ĉi tiu loko kaj transdoni Liajn amemajn salutojn al tiuj el Liaj amikoj, kiujn mi renkontus, kaj malkonsili al ili sekvi Lin. "Diru al ili," Li instrukciis al mmi, "ke ili konsekru siajn vivojn al sirvado al Mia Afero, por ke la barieroj, kuj malhelpas la progresadon de ĉi tiu Kredo, eble estu forgitaj, por ke Miaj sekvantoj sendanĝere kaj libere povu adori sian Dion kaj plenumi la ordonojn de sia Kredo." Mi tuj forlasis mian projekton kaj, anstataŭ reiri al Qum, decidis veni al tiu ĉi loko.'"

La historio, kiun ĉi tiu Siyyid ḥusayn-i-Zavári'í rakontis al mi, kvietigis mian maltrankvilon. Li konfidis al mi la ekzempleron de la „Risálíy-i-`Adlíyyih", kiun li kunportis kun si, kies legado donis forton kaj refreŝigon al mia animo. En tiuj tagoj mi estis lernanto de siyyid, kiu instruis al mi la Koranon, kaj kies nekapableco klarigi al mi la dogmojn de sia Kredo fariĝis pli kaj pli evidenta al mi. Siyyid ḥusayn, al kiu mi petis pluan informon pri la Afero, konsilis al mi konatiĝi kun Siyyid Ismá`íl-i-Zavari'í, kies konstanta kutimo estis viziti ĉiuprintempe la sanktejojn de la imám-zádihoj[440] de Qum. Mi inklinigis mian patron, kiu nevolis disiĝi de mi, ke li sendu min al tiu urbo, por ke mi povu perfektigi mian scion pri la araba lingvo. Mi atente kaŝis de li mian veran intencon, timante, ke ĝia malkaŝo povus impliki lin en embarasaĵojn kun la Qáḍí[441] kaj la ulemoj de Zarand kaj malebligi al mi atingi mian celon.

Dum mi estis en Qum, mia patrino, mia fratino, kaj mia frato venis viziti min rilate al la festo Naw-Rúz, kaj restis kun mi ĉirkaŭ monaton. Dum ilia vizito mi povis klarigi al mia patrino kaj mia fratino la novan Revelacion, kaj sukcesis ekbruligi en iliaj koroj amon por ĝia Aŭtoro. Kelkajn tagojn post ilia reiro al Zarand alvenis Siyyid Ismá`íl, kiun mi malpacience atendis, kaj dum siaj diskutoj kun mi li povis klarigi detale ĉion, kio estis necesa por plene aligi min al la Afero. Li emfazis la seninterrompan daŭrecon de Dia Revelacio, asertis la fundamentan interrilaton de la antaŭaj Profetoj, kaj klarigis ilian intiman interrilaton kun la Misio de Báb. Li ankaŭ malkaŝis la karakteron de la laboro plenumita de Shaykh Aḥmad-i-Aḥsá'í kaj Siyyid Káẓim-i-Rashtí, neniun el kiuj mi antaŭe priaŭdis. Mi demandis pri la nuna devo de ĉiu lojala aliĝinto de la Kredo. "La ordono de Báb", li respondis, "estas, ke ĉiuj, kiuj akceptis Lian Revelacion, iru al Mázindarán kaj helpu Quddúson, kiu estas nun ĉirkaŭita de la militistaro de senkompata malamiko." Mi esprimis mian avidon kuniĝi kun li, ĉar li mem intencis vojaĝi al la fortikaĵo de ṭabarsí.Tamen, li konsilis al mi, ke mi restu en Qum kune kun certa Mírzá Fatḥu'lláh-i-ḥakkák, junulo samaĝa kiel mi, kiun li antaŭ nelonge gvidis al la Afero, ĝis ricevo de lia komuniko el ṭihrán.

Mi atendis vane tiun komunikon, kaj trovante, ke nenia vorto venis de li, decidis foriri al la ĉefurbo. Mia amiko Mírzá Fatḥu'lláh poste sekvis min. Li estis fine arestita, kaj li partoprenis la sorton de tiuj, kiuj estis mortigitaj en la jaro 1268 p.H.,[442] kiel rezulto de atenco sur la vivon de la ŝaho. Alveninte en ṭihránon, mi iris rekte al la Masjid-i-Sháh, kiu staris kontraŭe de madrisih,[443] ĉe kies enirejo mi poste neatendite renkontis Siyyid Ismá`íl-i-Zavari'íon, kiu rapidis informi min, ke li ĵus skribis al mi la leteron kaj estis sendonta ĝin al Qum.

Ni estis pretiĝantaj foriri al Mázindarán, kiam atingis nin la novaĵo, ke la defendantoj de la fortikaĵo mem estis ebenigita ĝis la tero. Ni afliktiĝis ĉe la ricevo de la terurega novaĵo kaj funebris la tragedian sorton de tiuj, kiuj tiel heroe defendis sian amatan Aferon. Unu tagon mi neatendite renkontis mian patrinflankan onklon, Naw-Rúz-`Alí, kiu venis por revenigi min. Mi informis Siyyid Ismá`ílon, kiu konsilis al mi foriri al Zarand kaj ne eksciti pluan malamikecon flanke de tiuj, kiuj insistis, ke mi revenu.

Alveninte al mia naskiĝvilaĝo, mi povis aligi mian fraton al la Afero, kiun mia patrino kaj mia fratino jam akceptis. Mi ankaŭ sukcesis inklinigi mian patron permesi al mi denove foriri al ṭihrán. Mi ekloĝiĝis en la saman madrisihon, kie oni gastigis min dum mia antaŭa vizito, kaj tie konatiĝis kun certa Mullá `Abdu'l-Karím, kiun, mi poste eklernis, Bahá'u'lláh nomis Mírzá Aḥmad. Li korinkline akceptis min kaj diris al mi, ke Siyyid Ismá`íl konfidis min al lia zorgemo kaj deziras, ke mi restu en lia kunesto ĝis ties reveno al ṭihrán. Mi neniam forgesos la tagojn de mia kunesto kun Mírzá Aḥmad. Mi trovis lin eĉ la enkorpiĝo de amo kaj bonkoreco. La vortoj, per kiuj li inspiris min kaj vivigis mian kredon, estas neforigeble gravuritaj sur mia koro.

Pere de li mi konatiĝis kun la disĉiploj de Báb, kun kiuj mi kunestis kaj de kiuj mi akiris pli plenan informon rilate al la instruoj de la Kredo. En tiuj tagoj Mírzá Aḥmad gajnis siajn vivrimedojn kiel skribisto, kaj dediĉis siajn vesperojn al

[440] Vidu la Glosaron.

[441] Vidu la Glosaron.

[442] 1851-2 p.Kr.

[443] Vidu la Glosaron.

kopiado de la persa Bayán kaj aliaj verkoj de Báb. La ekzemplerojn, kiujn li tiel sindone preparis, li donacis al siaj kundisĉiploj. Mi mem estis kelkafoje portanto de tiaj donacoj de li al la edzino de Mullá Mihdíy-i-Kandí, kiu forlasis sian fileton kaj rapidis kuniĝi kun la okupantoj de la fortikaĵo de ṭabarsí.

Dum tiuj tagoj oni informis min, ke ṭáhirih, kiu, de post la disiĝi de la kunveno en Badasht loĝadis en Núr, alvenis al ṭihrán kaj estis malliberigita en la domo de Maḥmúd Khán-i-Kalántar, kie, kvankam ŝi estis malliberulino, tamen oni traktis ŝin konsidereme kaj ĝentile.

Unu tagon Mírzá Aḥmad kondukis in al la domo de Bahá'u'lláh, kies edzino, la Varaqatu'l-`Ulyá,[444] patrino de la Plej Granda Branĉo,[445] jam kuracis miajn okulojn per ŝmiraĵo, kiun ŝi mem preparis kaj sendis al mi per ĉi tiu sama Mírzá Aḥmad. La unua, kiun mi renkontis en tiu domo, estis tiu sama amata Filo ŝia, kiu estis tiam sesjara infano. Li ridetis sian vonvenigon al mi dum Li staris ĉe la pordo de la ĉambro okupata de Bahá'u'lláh. Mi preteriris tiun pordon kaj estis enkondukita en la ĉeeston de Mírzá Yaḥyá, tute nescianta la rangon de la Okupanto de la ĉambro, kiun mi postlasis. Ekkonatiĝinte kun Mírzá Yaḥyá, tuj kiam mi vidis liajn trajtojn kaj rimarkis lian konversacion, mi miris pri lia tuta malindeco por la posteno, kiun oni pretendis por li.

Alian fojon, dum vizito en tiu sama domo, mi estis enironta la ĉambron okupatan de Mírzá Yaḥyá, kiam Áqáy-i-Kalím, kun kiu mi antaue konatiĝis, alproksimiĝis kaj petis min, pro tio, ke Isfandíyár, ilia servanto, iris al la vendejo kaj ankoraŭ ne revenis, ke mi konduku "Áqáon"[446] al la Madrisiy-i-Mírzá-ṣáliḥ. Anstataŭe kaj tiam reiru al ĉi tiu loko. Mi volonte konsentis, kaj dum mi pretiĝis foriri, mi vidis la Plej Grandan Branĉon, belega infano, portantan la kuláhon[447] kaj vestitan en la jubbiy-i-hizári'í,[448] elveni el la ĉambro okupata de Lia Patro, kaj malsupreniri la ŝtupojn kondukantajn la la pordo de la domo. Mi aliris kaj etendis miajn brakojn por porti Lin. „Ni piediros kune," Li diris, ektenante mian manon kaj kondukante min el la domo. Ni babilis kune dum ni piediris mano ĉe mano al la madrisih konata en tiuj tagoj laŭ la nomo Pá-Minár. Kiam ni atingis Lian klasĉambron Li turnis sin al mi kaj diris, "Venu denove posttagmeze kaj rekonduku min hejmen, ĉar Isfandíyár ne povos revenigi min. Mia Patro bezonos lin hodiaŭ." Mi volonte konsentis kaj reiris tuj al la domo de Bahá'u'lláh. Tie denove mi rendkontis Mírzá Yaḥyáon, kiu donis al mi leteron, kiun li petis min porti al la Madrisiy-i-ṣadr kaj transdoni al Bahá'u'lláh, kiun, li diris, mi trovos en la ĉambro okupata de Mullá Báqir-i-Bastámí. Li petis min reporti la respondon tuj. Mi plenumis la komision kaj reiris al la madrisih ĝustatempe por konduki la Plej Grandan Branĉon al Lia hejmo.

Unu tagon Mírzá Aḥmad invitis min konatiĝi kun ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, la patrinflanka onklo de Báb, kiu ĵus revenis el Chihríq kaj estis gastanta en la hejmo de Muḥammad Big-i-Chapárchí, proksime al la pordego Shimírán. Kiam mi rigardis lian vizaĝon, impresis min la nobleco de liaj trajtoj kaj la trankvileco de lia vizaĝo. Miaj postaj vizitoj al li pliigis mian admiron por la dolĉeco de lia humoro, liaj mistika pieco kaj forta karaktero. Mi bone memoras, kiel foje, ĉe certa kunveno, Áqáy-i-Kalím instigis lin forlasi ṭihránon, kiu estis tiam en stato de ega tumulto, kaj eviti ĝian danĝeran atmosferon. "Pro kio timi pri mia sendanĝereco?" li fideme respondis. "Ke mi ankaŭ povu partopreni la festenon, kiun la mano de Providenco provizas por siaj elektitoj!"

Post nelonge la instigantoj de malbono sukcesis ekfari gravan tumulton en tiu urbo. Ĝia unua kaŭzo estis ago de certa siyyid el Káshán, kiu loĝis en la Madrisiy-i-Dáru'sh-Shafá', kaj kiun la konata Siyyid Muḥammad faris sia konfidato pretendante, ke li konvertis lin al la instruoj de Báb. Mírzá Muḥammad-ḥusayn-i-Kirmání, kiu loĝis en tiu sama madrisih, kaj kiu estis konata prelegisto pri la metafizikaj doktrinoj de Islámo, provis kelkafoje inklinigi al Siyyid Muḥammad, unu el liaj lernantoj, ke li disrompu sian konatecon kun tiu siyyid, kiun li opiniis malfidinda, kaj rifuzi al li eniron en la aron de la kredantoj. Tamen, Siyyid Muḥammad rifuzis esti admonita per ĉi tiu averto, kaj daŭris kunesti kun li ĝis la komenco de la monato Rabí`u'th-Thání en la jaro 1266 p.H.,[449] kiam la perfidema siyyid iris al certa Siyyid ḥusayn, unu el la ulemoj de Káshán, kaj transdonis al li la nomojn kaj adresojn de ĉirkaŭ kvindek el la kredantoj loĝantaj tiutempe en ṭihrán. Tiu sama listo estis tuj transdonita de Siyyid ḥusayn al Maḥmúd Khán-i-Kalántar, kiu ordonis, ke ili estu ciuj arestitaj. Dekkvar el ili estis kaptitaj kaj kondukitaj antaŭ la aŭtoritatulojn.

En la tago de ilia kapto mi okaze estis kun mia frato kaj mia patrinflanka onklo, kiuj alvenis el Zarand kaj ekloĝis en karavana loĝejo ekster la pordego Naw. La sekvintan matenon ili foriris al Zarand, kaj reveninte al la Madrisiy-i-Dáru'sh-Shafá', mmi eltrovis en mia ĉambro pakaĵon, sur kiu estis letero adresita al mi de Mírzá Aḥmad. Tiu letero informis min, ke la perfidema siyyid fine denuncis nin kaj igis furiozan tumulton en la ĉefurbo. "La pakaĵo, kiun mi lasis en ĉi tiu ĉambro," li skribis, "enhavas ĉiujn sanktajn verkojn, kiujn mi posedas. Se vi iam atingos tiun ĉi lokon sendanĝere, portu ilin al la karavana loĝejo de ḥájí Nád-`Alí, kie vi trovos en unu el ĝiaj ĉambroj viron samnomitan, naskiĝinto de Qazvín, al kiu transdonu la pakaĵon kune kun ĝia letero. El tie iru tuj al la Masjid-i-Sháh, kie mi espereble

---

[444] Laŭlitere "La Plej Laŭdegata Folio".

[445] Titolo de `Abdu'l-Bahá.

[446] Signifas "majstro", per kiu titolo oni tiam nomis `Abdu'l-Baháon.

[447] Vidu la Glosaron.

[448] Iaspeca surtoto.

[449] 14. Februaro – 15. Marto, 1850 p.Kr.

sukcesos renkonti vin.” Laŭ liaj ordonoj mi transdonis la pakaĵon al la ḥájí, kaj sukcesis atingi la masjidon, kie mi renkontis Mírzá Aḥmadon kaj aŭdis lin rakonti, kiel li estis atakita kaj rifuĝis en la masjidon, en kies limoj li estas imuna je plua atako.

Dume Bahá’u’lláh sendis komunikon el la Madrisiy-i-ṣadr al Mírzá Aḥmad, kiu informis lin pri la ruzoj de la Amír-Niẓám, kiu jam trifoje postulis de la Imám-Jum`ih lian areston. Li estis ankaŭ avertita, ke la Amír, ignorante la azilrajton apartenantan al la masjid, intencis aresti tiujn, kiuj rifuĝis en tiun sanktejon, Mírzá Aḥmad estis instigita foriri alivestita al Qum, kaj estis ordonita instrukcii al mi reiri al mia hejmo en Zarand.

Dume miaj parencoj, kiuj rekonis min en la Masjid-i-Sháh, instigis min foriri al Zarand, pretekstante, ke mia patro, kiu estis malbone informita pri mia aresto kaj okazota ekzekuto, estas en ega aflikto, kaj ke estas mia devo rapidi kaj liberigi lin de liaj maltrnakviloj. Plenumante la konsilon de Mírzá Aḥmad, kiu konsilis al mi kapti la Disenditan okazon, mi foriris al Zarand kaj solenis la feston Naw-Rúz kun mia familio, festo duoble benita pro tio, ke ĝi koincidis kun la kvina tago de Jamádíyu’l-Avval en la jaro 1266 p.H.,[450] la datreveno de la tago, kiam Báb deklaris sian Mision. Tiujara Naw-Rúz estas menciita en la “Kitáb-i-Panj-Sha’n”, unu el la lastaj verkoj de Báb. “La sesa Naw-Rúz,” Li skribis en tiu Libro, “post la deklaro de la punkto de la Bayán,[451] okazis la kvinan tagon de Jamádíyu’l-Avval, en la sepa luna jaro post tiu sama Deklaro.” En tiu sama parto Báb aludas al la fakto, ke la Naw-Rúz de tiu jaro estos la lasta, kiun Li estos destinita soleni sur ĉi tiu tero.

Dum la festo, kiun miaj parencoj solenis en Zarand, mia koro estis en ṭihrán, kaj mi pensis pri la sorto, kiu eble okazis al miaj kundisĉiploj en tiu maltrnakvila urbo. Mi sopiris aŭdi pri ilia sendanĝero. Kvankam mi estis en la domo de mia patro kaj ĉirkaŭata de la zrogemo de miaj gepatroj, tamen mi sentis min subpremita de la penso, ke mi estas apartigita de tiu anarego, kies danĝerojn mi povis bone imagi, kaj kies afliktojn mi sopiris partopreni. La terura necerteco, en kiu mi vivis en mia hejmo, estis neatendite rompita de la alveno de ṣádiq-i-Tabrízí, kiu venis el ṭihrán kaj estis akceptita en la domon de mia patro. Kvankam li liberigis min de la necerteco, kiu tiel peze ŝarĝigis min, taemen je mia ega teruro li malkaŝis al miaj oreloj rakonton tiel terure kruelan, ke la maltrankvilo de mia necerteco paliĝis antaŭ la mortpalalumo, kiun tiu malhela historio verŝis sur mian koron.

La cirkonstancojn de la martirigo de miaj arestitaj fratoj en ṭihrán – ĉar tia estis ilia sorto – mi nun ekrakontos. La dekkvar kaptitaj disĉiploj de Báb restis enkarcergitaj en la domo de Maḥmúd Khán-i-Kalántar de la unua ĝis la dudek-dua tago de la monato Rabí`u’th-Thání.[452] ṭáhirih ankaŭ estis malliberigita sur la supra etaĝo de tiu sama domo. Ĉia kruela ago estis suferigita sur ilin. Iliaj persekutantoj penis ĉiamaniere igi ilin malkaŝi la deziritan informon, sed malsukcesis akirikontentigan respondon. Inter la kaptitoj estis certa Muḥammad-ḥusayn-i-Marághi’í, kiu obstine rifuzis eldiri eĉ unuopan vorton spite de la severa perforto suferigita sur lin. Oni turmentegis lin, oni turnis sin al ĉiu ebla rimedo por eldevigi el li ian aludon, kiu servus ilian deziron, sed malsukcesis atingi sian celon. Tia estis lia neflankiĝanta obstino, ke liaj subpremantoj opiniis lin esti muta. Ili demandis al ḥájí Mullá Ismá`íl, kiu konvertis lin al sia Kredo, ĉu li povas paroli. “Li estas silenta, sed ne muta,” li respondis, “li estas fluparolema kaj libera de ia malhelpo.” Tuj kiam li vokis lian nomon la viktimo respondis, certigante lin pri sia preteco plenumi lian volon.

Konvinkitaj pri sia senpovo venki ilian volon, ili transdonis la aferon al Maḥmúd Khán, kiu siavice antaŭmetis ilian aferon antaŭ la Amír-Niẓámon, Mírzá Taqí Khán,[453] la Granda Veziro de ŝaho Naṣíri’d-Dín. En tiuj tagoj la suvereno detenis sin de rekta intermiksiĝo en aferojn rilatantajn al la aferoj de la persekutata komunomo, kaj ofte ne sciis la decidojn faratajn rilate al ĝiaj anoj. Lia Granda Veziro havis plenan aŭtoritaton trakti ilin tiel, kiel li opiniis taŭge. Neniu dubis liajn decidojn, nek kuraĝis malaprobi la manieron, laŭ kiu li ekzercis sian aŭtoritaton. Li tuj eldonis urĝegan ordon, kiu minacis ekzekuton al ĉiuj tiuj el la dekkvar malliberuloj, kiuj rufuzos malkonfesi sian kredon. Sep estis devigitaj cedi al la perforto suferigita sur ilin, kaj estis tuj liberigitaj. La sep restantaj estas la Sep Martiroj de ṭihrán:

1. ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, alnomita Khál-i-A`ẓam,[454] patrinflanka onklo de Báb, kaj unu el la ĉefaj komercistoj de Shíráz. Estis tiu sama onklo, en kies gardon Báb estis konfidita post la morto de Lia patro, kaj kiu, ĉe la reveno de sia Nevo post Lia pilgrimado al ḥijáz kaj Lia aresto fare de ḥusayn Khán, prenis sur sin plenan respondecon por Li per sia skribita promeso. Estis li, kiu ĉirkaŭis Lin per senĉesa zorgemo dum Li estis en lia gardo, kiu servis Lin tiel sindone, kaj kiu agis kiel peranto inter Li kaj la aregoj da Liaj sekvantoj, kiuj amasiĝis al Shíráz por vidi Lin. Lia sola infano, Siyyid Javád, mortis dum infaneco. Ĉirkaŭ la mezo de la jaro 1265 p.H.,[455] ĉi tiu sama ḥájí Mírzá Siyyid `Alí forlasis Shírázon kaj vizitis Bábon en la kastelo de Chihríq. El tie li iris al ṭihrán kaj, kvankam li ne havis specialan okupon, tamen li restis en tiu urbo ĝis la ekribelo, kiu fine okazigis lian martiriĝon.

---

[450] 1850 p.Kr.

[451] Unu el la titoloj de Báb.

[452] 14. Februaro – 15. marto, 1850 p.Kr.

[453] Li estis filo de Qurbán, la ĉefkuiristo de la Qá’im-Maqám, la antaŭulo de ḥájí Mírzá Áqásí.

[454] Laŭlitere “La Plej Granda Onklo”.

[455] 1848 p.Kr.

Kvankam liaj amikoj petegis al li eviti la tumulton rapide alproksimiĝantan, tamen li rifuzis atenti ilian konsilon, kaj ĝis sia lasta horo elportadis kun plena rezignado la persekuton suferigatan sur lin. Sufiĉe granda aro inter la pli riĉaj komercistoj konataj de li proponis pagi lian elaĉeton, propono, kiun li malakceptis. Fine li estis alkondukita al la Amír-Niẓám. "La Ĉefa Magistratano de ĉi tiu regno," la Granda Veziro informis lin, "ne volas suferigi eĉ plej etan malutilon sur la idojn de la Profeto. Eminentaj komercistoj de Shíráz kaj ṭihrán volas eĉ avide pagi vian elaĉeton. La Maliku't-Tujjár eĉ propetis pro vi. Malkonfesa vorto de vi sufiĉos por liberigi vin kaj certigi kun honoroj vian reiron al via naskiĝurbol Mi promesas, ke, se vi volas konsenti, vi pasigos la restantajn tagojn de via vivo kun honoro kaj digno sub la ŝirmanta ombro de via suvereno." "Via Moŝto," sentime respondis ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, "se aliaj antaŭ mi, kiuj trinkegis ĝoje la pokalon de martireco, elektis malakcepti tian peton, kian vi faras al mi, estu certa, ke mi ne estas malpli avida malakcepti tiun peton. Mia malkonfeso de la veroj ameme konservitaj en ĉi tiu Revelacio estus egala al malakcepto de ĉiuj Revelacioj antaŭ ĝi. Rifuzi ekkoni la Mision de Siyyid-i-Báb estus defali de la Kredo de miaj prapatroj kaj nei la Dian karakteron de la Revelacio, kiun mahometo, Jesuo, Moseo, kaj ĉiuj Profetoj antaŭaj revelaciis. Dio scias, ke ĉion, kion mi aŭdis kaj legis rilate al la diroj kaj faroj de tiuj Senditoj, mi estis privilegiita vidi el ĉi tiu Junulo, ĉi tiu amata Parenco mia, de Lia plej frua knabeco ĝis la nuna, la trideka jaro de Lia vivo. Ĉio en Li rememorigas min pri Lia eminenta Prapatro kaj pri la imámoj de Lia Kredo, kies vivojn niaj skribitaj tradicioj prezentis. Mi nur petas al vi, ke vi permesu al mi esti la unua por morti sur la vojo de mia amata Parenco."

La Amír ekmiregis pri tia respondo. En kolerega malespero kaj sen vorto li signis, ke li estu elkondukita kaj senkapigita. Kondukante la viktimon al lia morto, oni aŭdis lin kelkafoje ripeti tiujn ĉi vortojn de ḥáfiẓ: "Granda estas mia dankemo al Vi, ho mia Dio, pro tio, ke Vi bonfareme plenumis ĉion, kion mi petis al Vi." "Aŭdu min, ho homoj," li kriis al la popolamaso ĉirkaŭ li; "mi oferis min kiel volontan oferon sur la vojo de la Afero de Dio. La tuta provinco Fárs, kiel ankaŭ `Iráqo preter la limoj de Persujo, senhezite atestos mian honestan konduton, miajn sinceran piecon kaj noblan devenon. Dum pli ol mil jaroj vi preĝis kaj preĝis denove, ke malkaŝiĝu la promesita Qá'im. Ĉe mencio de Lia nomo, kiel ofte vi kriis el viaj korprofundoj: 'Rapidigu, ho Dio, Lian alvenon; forigu ĉiun barieron, kiu malhelpas Lian aperon!' Kaj nun, kiam Li estas alveninta, vi forpelis Lin al malespera ekzilo en malproksima kaj izola angulo de Ádhirbáyján jak leviĝis por mortigi Liajn kunulojn. Se mi alvokus la malbenon de Dio sur vin, mi estas certa, ke Lia venĝa kolerego dolorige afliktus vin. Tamen, mia preĝo ne estas tia. Kun mia lasta spriro mi preĝas, ke la Plejpotenculo forviŝu la makulon de via kulpo kaj ebligu al vi vekiĝi el la dormo de senatento."[456]

eĉ plenfprofunde kortuŝis lian ekzekutiston. Pretekstante, ke la glavo preta en sia mano bezonas reakrigon, li rapide foriris, intencante neniam reiri. "Kiam mi estis elektita al ĉi tiu servo," oni aŭdis lin plendi dum li amare ploris, "oni entreprenis transkonduki al mi nur tiujn, kiuj estis kondamnitaj pro murdo kaj sur vojrabado. Nun oni ordonas al mi verŝi la sangon de homo neniel malpli sankta, ol la Imám Músáy-i-Káẓim[457] mem!" Baldaŭ poste li foriris al Khurásán kaj tie provis gajni vivrimedojn kiel portisto kaj proklamisto. Al la kredantoj de tiu provinco li rakontis la historion de tiu tragedio, kaj esprimis sian penton pri la ago, kiun li estis devigita fari. Ĉiam, kiam li rememoris tiun okazintaĵon, ĉiam, kiam oni menciis al li la nomon de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, larmoj nedeteneblaj fluis el liaj okuloj, larmoj, kiuj atestis la korinklinon, kiun tiu sanktulo inspiris en lian koron.

2. Mírzá Qurbán-`Alí,[458] naskiĝinto de Bárfurúsh en la provinco Mázindarán, kaj elstaranto en la komunumo konata per la nomo Ni`matu'lláhí. Li estis viro de sincera pieco kaj dotita de granda nobleco de karaktero. Tia estis la ĉasteco de lia vivo, ke sufiĉe granda aro inter la konatuloj de Mázindarán, de Khurásán kaj ṭihrán promesis al li sian lojalecon, kaj konsideris lin kiel eĉ la enkorpiĝon de virteco. Tioma estis la estimo por li de liaj samlandanoj, ke dum lia pil,grimado al Karbilá grandega homamaso da sindonaj admirantoj amasiĝis laŭlonge de lia vojo por montri sian respektegon al li. En Hamadán, kiel ankaŭ en Kirmánsháh, granda aro da homoj influiĝis de lia personeco kaj aliĝis al lia sekvantaro. Kien ajn li iris la aklamoj de la homoj salutis lin. Tamen, li ege malŝatis tiujn ĉi elmontrojn de popola entuziasmo. Li efitis la homamason kaj malestimis la pompon kaj paradon de ĉefeco. Survoje al Karbilá, dum li pasis tra Mandalíj, shaykh de sufiĉe granda influo tiel enamiĝis en lin, ke li forrifuzis ĉion, kion antaŭe li ameme gardis, kaj, forlasinte siajn amikojn kaj disĉiplojn, sekvis lin ĝis Ya`qúbbíyyih. Tamen, Mírzá Qurbán-`Alí sukcesis inklinigi lin reiri al Mandalíj kaj rekomenci la laboron, kiun li forlasis.

Reirante de sia pilgrimado, Mírzá Qurbán-`Alí konatiĝis kun Mullá ḥusayn kaj pere de li akceptis la veron de la Afero. Pro malsano li ne povis kuniĝi kun la defendantoj de la fortikaĵo de ṭabarsí, kaj, se ne estus pro lia neeblo vojaĝi al Mázindarán, li estus la unua kuniĝi kun ĝiaj okupantoj. Krom Mullá ḥusayn, inter la disĉiploj de Báb, Vaḥíd estis la persono, al kiu li pleje aliĝis. Dum mia vizito en ṭihrán oni infomis min, ke ĉilasta konsekris sian vivon al servado al la Afero kaj leviĝis kun ekzempla sindono por antaŭenigi ĉien ĝiajn interesojn. Mi ofte aŭdis Mírzá Qurbán-`Alíon, kiu estis tiam en la ĉefurbo, bedaŭregi tiun malsanon. "Kiel ege mi malĝojas," mi aŭdis lin kelkafoje rimarkigi, "ke mi estas senigita je mia parto de la pokalo, kiun Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj trinkegis! Mi sopiras kuniĝi kun Vaḥíd kaj varbiĝi sub lian standardon kaj strebi rebonigi mian antaŭan malsukceson." Li estis pretiĝanta forlasi ṭihránon, kiam oni subite

[456] "Li deprenis sian turbanon kaj, rigardante ĉielen, ekkriis, 'Ho Dio, Vi vidas, kiel ili mortigas la filon de Via plej honorinda Profeto sen ia kulpo liaparta.' Tiam li turnis sin al la ekzekutisto kaj recitis la jenan verson: 'Kiel linge mortigos min la malăojo de disiăo de Li? Senkapigu min, por ke Amo donacu al mi kapon.'" (Maťľnaví, Libro 6, p. 649, 1, 2; eldono de `Alá'u'd-Dawlih). ("Historio de Vojaăanto", Noto B; p.174.)

[457] La Sepa Imám.

[458] Laů la historio de ḥájí Mu'ínu's-Salṭanih (p. 131), Mírzá Qurbán-`Alí, la dervièo, konatiăis kun Báb en la vilaăo Ňľ'ánliq.

arestis lin. Liaj malluksaj vestoj atestis la gradon de lia sindediĉo. Vestita en blanka tuniko laŭ la maniero de la araboj, mantelvestita en malstrikte teksita `abá[459] kaj portanta kapveston kian portas la homoj de `Iráqo, li ŝajnis, dum li iris tra la stratoj, eĉ la enkorpiĝo de malpretendo. Li konscience sekvis ĉiujn ordonojn de sia Kredo, kaj kun ekzempla pieco plenumis siajn Diservojn. "Báb mem detalege sekvas la ordonojn de sia Kredo," li ofte rimarkigis. "Ĉu mi malatentu miaparte la aferojn plenumatajn de mia ĉefo?"

Kiam Mírzá Qurbán-`Alí estis arestita kaj kondukita antaŭ la Amír-Niẓámon, okaziĝis tia tumulto, kian ṭihrán maloftege travivis. Grandaj homamasoj svarmis al la alirejoj de la ĉefsidejo de la registaro, avidaj informiĝi, kio okazos al li. "De hieraŭ nokte," la Amír remarkigis, tuj kiam li vidis lin, "sieĝis min ĉiuklasaj ŝtataj oficistoj, kiuj forte propetis pro vi.[460] De tio, kion mi scias pri la rango de vi okupata kaj la influo ekzercata de viaj vortoj, vi malmulte malsuperas Siyyid-i-Bábon mem. Se vi estus pretendinta por vi postenon ĉefecan, estus estinta pli bone, ol deklari vian lojalecon al persono, kiu malsuperas vin je scio." "La scio, kiun mi akiris," li sentime rediris, "instigis min kliniĝi lojalece antaŭ Tiu, kiun mi ekkonis kiel mian Sinjoron kaj Ĉefon. Ekde kiam mi atingis plenaĝon mi konsideras justecon kaj honestecon kiel la regantajn motivojn de mia vivo. Mi honeste juĝis Lin kaj atingis la konkludon, ke, se estas falsa ĉi tiu Junulo, al kies superega potenco atestas kaj amiko kaj malamiko, ĉiu Profeto de Dio, de pratempo ĝis la nuna tago, devas esti denuncata kiel eĉ la enkorpiĝo de malvero! Mi estas certa pri la senduba sindono de pli ol mil admirantoj. Kaj tamen mi estas senpova aliigi la koron de la malplejo inter ili. Tamen, ĉi tiu Junulo pruviĝis kapabla aliecigi, pere de la eliksiro de sia ami, la animojn de la plej malnobligitaj inter siaj kunhomoj. Sur milon da homoj kiaj estas mi, Li nehelpita kaj sola uzis tian influon, ke eĉ ne akirinte Lian ĉeeston ili flankenĵetis siajn proprajn dezirojn kaj firmtenis pasie al Lia volo. Tute konsciaj pri la nesufiĉeco de ĉiu afero de si faritaj, ĉi tiuj sopiras morti pro Li, esperante, ke ĉi tiu plua signo de ilia sindono indu mencion en Lia Korto."

"Ĉu viaj vortoj estas Didevenaj aŭ ne," la Amír-Niẓám rimarkigis, "mi ne volas eldiri mortkondamnon kontraŭ posedanto de tiel alta posteno." "Pro kio heziti?" ekkriis la malpacienca viktimo. "Ĉu vi ne scias, ke ĉiuj nomoj devenas de la Ĉielo? Tiu, kies nomo estas `Alí[461] sur kies vojo mi oferas mian vivon, de pratempo enskribis mian nomon, Qurbán-`Alí,[462] en la rulaĵon de siaj elektitaj martiroj. Ĉi tiu estas ja la tago, kiam mi solenas la feston Qurbán, la tago, kiam mi sigelos per mia vivosango mian kredon je Lia Afero. Ne estu do malinklina, kaj estu certa, ke mi neniam kulpigos vin pro via ago. Ju pli baldaŭ vi senkapigos min, des pli granda estos mia dankemo al vi." "Forkonduku lin de ĉi tiu loko!" kriis la Amír. "Momenton pli, kaj ĉi tiu derviŝo estos ensorĉinta min!" "Vi estas sekura kontraŭ tiu magio," Mírzá Qurbán-`Alí respondis, "kiu povas ĉarmi nur la purkorulojn. Vi jak viaj samuloj neniam konstatos la ravan potencon de tiu Dia eliksiro, kiu en momento aliecigas la homajn animojn."

Koleregigita per la respondo, la Amír-Niẓám ekstaris kaj, lia tuta korpo tremante pro kolero, ekkriis: "Nenio krom la glavoklingo povas silentigi la voĉon de ĉi tiu trompita popolo!" "Ne estas necese," li diris al la ekzekutistoj deĵorantaj lin, "alkonduki antaŭ min pluajn anojn de ĉi tiu malaminda sekto. Vortoj estas senpovaj venki ilian neflankiĝantan obstinon. Kiun ajn vi povos inklinigi malkonfesi sian kredon, tiun liberigu; rilate al la ceteraj, senkapigu ilin."

Alproksimiĝante al la loko de sia morto, Mírzá –Qurbán-`Alí, ebria pro la antaŭvido de alproksimiĝanta reunuiĝo kun sia Amato, ekkriis esprimojn de egaĝojo. "Rapidu mortigi min," li kriis kun rava ekstazo, "ĉar per ĉi tiu morto vi estos proponinta al mi la kalikon de eterna vivo. Kvankam mian velkintan spiron vi nun estingas, tamen per miriado da vivoj mia Amato rekompencos min; vivoj, kiujn nenia homa koro povas imagi!" "Aŭskultu al miaj vortoj, vi, kiuj deklaras vin la sekvantoj de la Apostolo de Dio," li petegis, ekturnante sin al la amasiĝintaj rigardantoj. "Mahometo, la Suno de Dia gvidado, kiu en antaŭa epoko leviĝis super la horozonto de ḥijáz, hodiaŭ denove leviĝis en la personeco de `Alí-Muḥammad el la Sunleviĝo de Shíráz, verŝante la saman brilecon kaj donante la saman varmecon. Rozo estas rozo, en kiu ajn ĝardeno, kaj kiam ajn ĝi floras." Vidante ĉiuflanke, kiel la homoj estis surdaj al lia alvoko, li kriis laŭte: "Ho, la obstinego de ĉi tiu generacio! Kiel ili malatentas la bonodoron, kiun tiu senmorta Rozo verŝis! Kvankam mia animo superfluas pro ekstazo, tamen, ho ve, mi povas trovi nenian koron por partopreni kun mi ĝian ĉarmon, nek menson por eksenti ĝian gloron."

Ĉe vido de la kadavro de ḥájí Mírzá Siyyid `Alísenkapigita kaj sanganta ĉe siaj piedoj, lia febra ekscito atingis plej altan gradon. "Salutu", li kriegis, ĵetante sin sur ĝin, "salutu la tagon de komuna ĝojo, la tagon de nia reunuiĝo kun nia

---

459 Vidu la Glosaron.

460 "Mirza Qurbán-`Alí estis fama inter mistikuloj kaj derviĕoj, kaj havis multajn amikojn kaj disőiplojn en ṭihrán, krom tio, ke li estis bone konata al la plejparto de la nobeluloj kaj őefoj, kaj eő la patrino de la ĕaho. Pro sia amikeco por li kaj la kompato, kiun ĕi sentis pro lia stato, ĕi diris al Lia Moĕto, la reĕo: 'Li ne estas bábano, sed oni mensoge akuzis lin.' Do ili elkondukigis lin, dirante: 'Vi estas derviĕo, klerulo, kaj instruistulo; vi ne apartenas al őí tiu erarigita sekto; falsa akuzo estas prezentita kontraů vi.' Li respondis: 'Mi konsideras min kiel unu el la sekvantoj kaj servantoj de Lia Sankteco, kvankam mi ne scias, őu Li akceptis min aů ne.' Kiam ili daůris inklinigi lin, promesantaj pension kaj salajron, li diris: 'Őí tiu vivo kaj őí tiuj sangogutoj miaj malmulte gravas; eő se la imperio de la mondo estus mia, kaj eő se mi havus mil vivojn, mi volonte ŕetus ilin őiuj őe la piedojn de Liaj amikoj:
'Oferi la kapon por l' Amat',
Al mi ĕajnas esti ja facile;
Fermu la lipojn kaj őesu paroli pri propetad',
Őar propetadon geamantoj ne bezonas.'
Do fine ili őesis malespereme, kaj signis, ke li mortu." (La "Táriňľ-i-Jadíd", p.254.)

461 Aludo al Báb.

462 Qurbán signifas "Ofero"; do, "Ofero por Báb".

Amato!” “Alproksimiĝu,” li kriis al la ekzekutisto, ĉirkaŭbrakante la kadavron, “kaj ekbatu, ĉar mia fidela kamarado nevolas liberiĝi el mia ĉirkaŭpreno, kaj alvokas min rapidi kun li al la korto de la Plejamato.” Bato de la ekzekutisto tuj trafis lian nukon. Kelkaj momentoj pasis, kaj la animo de tiu grandulo foritis. Tiu kruela bato ekscitis en la apudstarantoj sentojn de indigno kaj simpatio intermiksitaj. Krioj de malĝojo kaj mizero aŭdiĝis el la koroj de la homamaso, kaj kaŭzis aflikton, kiu rememorigis la kriojn de malĝojo, per kiuj la loĝantaro salutas ĉiujare la tagon `Áshúrá.[463]

3. Tiam venis la vico de ḥájí Mullá Ismá`íl-i-Qumí, kiu estis naskiĝinto de Faráhán. En sia frua juneco li foriris al Karbilá serĉi la Veron, kiun li didigente strebis eltrovi. Li asociis kun ĉiuj ĉefaj ulemoj de Najaf kaj Karbilá, sidis ĉe la piedoj de Siyyid Káẓim, kaj akiris de li la scion kaj komprenon, kiuj ebligis al li kelkajn jarojn poste en Shíráz ekkoni la Revelacion de Báb. Li distingiĝis per la persistemo de sia kredo kaj la fervoro de sia sindono. Tuj kiam atingis lin la ordono de Báb, ke Liaj sekvantoj rapidu al Khurásán, li entuziasme respondis, kuniĝis kun la kunuloj irantaj al Badasht, kaj tie ricevis la nomon Sirru’l-Vujúd. Dum lia kuneco kun ili lia kompreno pri la Afero iĝis pli profunda, kaj lia fervoro por ĝia antaŭenigo laŭe pliiĝis Li fariĝis eĉ la enkorpiĝo de sindediĉo, kaj sentis sin pli kaj pli malpacienca elmontri taŭge la spiriton, per kiu lia Kredo inspiris lin. En klarigado de la signifo de la versoj de la Korano kaj la tradicioj de Islámo li elmontris tian envidpovon, kian malmultaj povis superi, kaj la elokventeco, kun kiu li prezentis tiujn verojn, gajnis por li la admiron de liaj kundisĉiploj. En la tagoj, kiam la fortikaĵo de ṭabarsí fariĝis la kolektiĝa centro por la disĉiploj de Báb, li malfortiĝis senkonsola sur malsanlito, senpova helpi kaj ludi sian rolon por ĝia defendo. Eklerninte, ke tiu memorinda sieĝo finiĝis per la masbuĉado de siaj kundisĉiploj, tuj kiam li resaniĝis li leviĝis kun plua decido kompensi per sia sinofera laborado la perdon, kiun la Afero suferis. Tiu decido kondukis lin fine al la kampo de martireco kaj gajnis por li ĝian kronon.

Kondukite al la ŝtipo kaj atendante la momenton de sia ekzekuto, li turnis sina rigardon al tiuj duopaj martiroj, kiuj antaŭis lin, kaj kiuj ankoraŭ kuŝis interplektitaj en reciproka ĉirkaŭpreno. “Brave, amataj kunuloj!” li kriis, rigardante iliajn sangantajn kapojn. “Vi faris paradizon el Tihran! Ke mi estus antaŭinta vin!” Eltirinte el sia poŝo moneron, kiun li donis al sia ekzekutisto, li petis lin aĉeti por si ion, per kio li povus dolĉigi sian buŝon. Li prenis iom da ĝi kaj donis la ceteron al li, dirante: “Mi pardonis al vi vian agon; alproksimiĝu kaj ekbatu. Dum tridek jaroj mi sopiris vidi tiun ĉi benitan tagon, kaj timis, ke mi portus tiun ĉi deziron neplenumitan en la tombon.” “Akceptu min, ho mia Dio,” li kriis, rigardante ĉielen, “kvankam mi estas malinda, kaj bonvolu enskribi mian nomon en la rulaĵon de tiuj senmortuloj, kiuj fordonis la vivojn sur la oferaltaro.” Li estis ankoraŭ en Diservo, kiam la ekzekutisto ĉe lia peto subite finigis lian preĝon.[464]

4. Li apenaŭ mortis, kiam Siyyid ḥusayn-i-Turshízí, la mujtahid, estis kondukita siavice al la ŝtipo. Li estis naskiĝinto de Turshíz, vilaĝo en Khurásán, kaj estis altestimata pro liaj pieco kaj honesta konduto. Li studis plurajn jarojn en Najaf, kaj estis momisiita de siaj kunmujtahidoj iri al Khurásán kaj tie diskonigi la principojn, kiujn li lernis. Kiam li alvenis al Káẓimayn, li renkontis ḥájí Muḥammad-Taqíy-i-Kirmánίon, malnova konatulo sia, kiu rangis inter la elstarantaj komercistoj de Kirmán, kaj kiu starigis fakon de sia komerco en Khurásán. Survoje al Persujo li decidis akompani lin. Ĉi tiu ḥájí Muḥammad-Taqí estis intima amiko de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí, patrinflanka onklo de Báb, pere de kiu li estis konvertita al la Afero en la jaro 1264 p.H.,[465] dum li pretiĝis por forlasi Shíráz on por pilgrimi al Karbilá. Informiĝinte pri la projektita vojaĝo de ḥájí Mírzá Siyyid `Alí al Chihríq por viziti Bábon, li esprimis sian avidan deziron akompani lin. ḥájí Mírzá Siyyid `Alí konsilis al li plenumi sian unuan celon kaj iri al Karbilá kaj tie atendi lian leteron, kiu informos lin, ĉu estus konsilinde kuniĝi kun li. ḥájí Mírzá Siyyid `Alí estis ordonita foriri el Chihríq al ṭihrán en la espero, ke post mallonga resto en la ĉefurbo ebliĝus la li reviziti sian Nevon. En Chihríq li esprimis sian malinklinon reiri al Shíráz, pro tio, ke li ne povis plu toleradi la pliiĝantan arogantecon de ĝiaj loĝantoj. Alveninte en ṭihránon, li petis al ḥájí Muḥammad-Taqí kuniĝi kun li. Siyyid ḥusayn akompanis lin el Bahdad al la ĉefurbo kaj pere de li estis konvertita al la Kredo.

Starante antaŭ la popolamaso kolektiĝinta ĉirkaŭ li por vidi lian martirigon, Siyyid ḥusayn laŭtigis sian voĉon kaj diris: “Aŭdu min, ho sekvantoj de Islámo! Mia nomo estas ḥusayn, kaj mi estas ido de la Siyyidu’sh-Shuhadá, kiu ankaŭ

---

[463] “Kiam oni alkondukis lin al la ekzekuta stango, la ekzekutisto levis sian glavon kaj batis lian kolon de malantaŭe. La bato nur klinigis lian kapon, kaj igis la derviĕan turbanon, kiun li portis, ruliăi kelkajn paĕojn de li sur la tero. Tuj, kvazaů per sia lasta spiro, li estigis novan ekdolorigon en la koron de őiu persono emocikapabla per recito de la jenaj versoj:
’Feliőa tiu, kiun amebri’
Ţiel venkis, ke apenaů li scias,
Őu őe la piedojn de l’Amat’
Kapon aů turbanon li ŕetas!’”
(La “Táriňľ-i-Jadíd”, pp.254-255.)

[464] “Nu, kiam ili estis pretaj komenci sian laboron senkapigadan kaj buőadan, kaj estis la mortvico de ḥájí Mullá Ismá’íl, iu venis al li dirante: ‘Certa amiko via donos certan monsumon por savi vin de morto, kondiőe de via malkonfeso, por ke tiamaniere oni estu inklinigita liberigi vin. Okaze de terura neceso, kiel malutilus nur diri, “Mi ne estas bábano,” por ke oni havu pretekston por liberigi vin?’ Li respoondis, ‘Se mi volontus malkonfesi, eő sen mono neniu tuĕus min.’ Plie urăate kaj ege trudpetate, li plejalte stariăis meze de la homamaso, kaj ekkriis, por ke őiu aůdu:
’Zefir’, mi petas vin porti komunikon de mi
Al tiu Ismael, kiu ne estis mortigita:
”Vivantojn de l’ strat’ de l’ Amat’
Am’ ne permesas reiri.”’” (La “Táriňľ-i-Jadíd”, pp. 253-254.)

[465] 1847-8 p.Kr.

havis tiun nomon.[466] La mujtahidoj  de la sanktaj urboj Najaf kaj Karbilá unuanime atestis mian postenon kiel rajtigita klariganto de la leĝo kaj instruoj de ilia Kredo. Ĝis antaŭnelonge me neniam aŭdis la nomon de Siyyid-i-Báb. La lerteco, kiun mi akiris pri la malsimplaĵoj de la islámaj instruoj, ebligis al mi kompreni la valoron de la Revelacio alportita de Siyyid-i-Báb. Mi konvinkiĝis, ke, se mi neus la Veron de Li revelaciitan, eĉ per ĉi tiu ago mi estus malkonfesinta mian lojalecon al ĉiu Revelacio, kiu antaŭis ĝin. Mi petegas ĉiun el vi alvoki la ulemojn kaj mujtahidojn de ĉi tiu urbo kaj okazigi kunvenon, ĉe kiu mi entreprenos en ilia ĉeesto starigi la veron de ĉi tiu Afero. Ili tiam juĝu, ĉu mi kapablas elmontri la validecon de la pretendoj de Báb. Se ili estos kontentaj pri la pruvoj, kiujn mi citos por subteni mian rezonadon, ili ĉesu verŝi la sangon de la senkulpuloj; kaj se mi malsukcesos, ili suferigu sur min la punon merititan." Ĉi tiuj vortoj apenaŭ aŭdiĝis el liaj lipoj, kiam oficiro deĵoranta por la Amír-Niẓám fierege interrompis: "Mi portas kun mi vian mortordonon subskribitan kaj sigelitan de sep el la konataj mujtahidoj de ṭihrán, kiuj propramane proklamis vin senkredulo. Mi mem respondecos al Dio en la Juĝotago pri via sango, kaj respondigos tiujn ĉefojn, je kies juĝkapablo oni petas nin fidi, kaj al kies decidoj ni estas devigitaj submetiĝi." Kun ĉi tiuj vortoj li elingigis sian ponardon kaj tiel forte pidvundis lin, ke li tuj mortfalis ĉe liajn piedojn.

5. Baldaŭ poste, ḥájí Muḥammad-Taqíy-i-Kirmání estis kondukita al la ekzekuta loko. La malbelega vidaĵo antaŭ li ekscitis lian egan indignon. "Alproksimiĝu, vi aĉa kaj senkora tirano," li ekkriis al sia persekutanto, "kaj rapidu mortigi min, ĉar mi estas malpacienca kuniĝi kun mia amata ḥusayn. Vivi post li estas turmentego, kiun mi ne povas elporti."

6. Tuj kiam ḥájí Muḥammad-Taqí eldiris tiujn vortojn Siyyid Murtaḍá, kiu estis unu el la konataj komercistoj de Zanján, rapidis antaŭi siajn kunulojn. Li ĵetis sin sur ḥájí Muḥammad-Taqíon, kaj petegis, ke ĉar li estas siyyid, lia martiriĝo estus pli laŭdinda antaŭ Dio, ol tiu de ḥájí Muḥammad-Taqí. Dum la ekzekutisto elingigis sian glavon, Siyyid Murtaḍá alvokis la memoron de sia martirigita frato, kiu kunbatalis kun Mullá ḥusayn; kaj tiaj estis liaj aludoj, ke la rigardantoj miris pri la necedema persistemo de la kredo, per kiu li estis inspirita.

7. Meze de la tumulto estigita de la kortuŝaj vortoj de Siyyid Murtaḍá, Muḥammad-ḥusayn-i-Marághi'í alkuregis kaj petegis, ke oni permesu al li tujan martiriĝon antaŭ ol liaj kunuloj estu mortigitaj. Tuj kiam li ekvidis la kadavron de ḥájí Mullá Ismá`íl-i-Qumí, por kiu li sentis profundan korinklinon, li impulseme ĵetis sin sur lin kaj, ĉirkaŭbrakante lin, ekkriis: "Neniam mi konsentos disiĝi de mia ege amata amiko, kiun mi pleje fidis, kaj de kiu mi ricevis tiel multajn signojn de sincera kaj profunda korinklino!"

Ilia avido antaŭ unu la alian en morto pro sia Kredo mirigis la popolamason, kiu demandis al si, kiu el la tri estos elektita super siaj kunuloj. Ili petegis tiel fervore, ke fine ili estis senkapigitaj, ĉiuj tri, en unu kaj la sama momento.

Homaj okuloj maloftege vidis tiel grandan kredon, tiajn signojn de senbrida krueleco. Kvankam ili estis malmultaj, tamen, kiam ni rememoras la cirkonstancojn de ilia martirigo, ni estas devigitaj ekkoni la miregigan karakteron de tiu forto, kiu povus elvoki tiel maloftegan spiriton de sinofero. Kiam ni memoras la altan rangon de ĉi tiuj viktimoj, kiam ni observas la gradon de ilia rezigno kaj la vivoforton de ilia kredo, kiam ni memoras la trudpetojn, kiuj el influaj flankoj estis uzitaj por malhelpi la danĝeron, per kiu iliaj vovoj estis minacataj, super ĉio, kiam ni prezentas al ni la spiriton, kiu spitis la kruelegojn, kiujn senkora malamiko tiel malnogle suferigis sur ilin, ni estas devigitaj konsideri tiun epizodon kiel unu el la plej tragediaj okazintaĵoj en la kroniko de ĉi tiu Afero.[467]

ĉi tiu punkto de mia historio me estis privilegiita antaŭmeti antaŭ Bahá'u'lláhon tiujn partojn de mia verko, kiujn mi jam revizis kaj finis. Kiel multege mia laborado estis rekompensita de Tiu, kies favoron solan mi serĉas, kaj por kies kontentiĝo mi dediĉis min al ĉi tiu tasko!" Li afable alvokis min al si kaj bonvolis al mi siaujn benojn. Mi estis en mia hejmo en la mallibereja urbo Aĥor, kaj loĝis priksime al la domo de Áqáy-i-Kalím, kiem la alvoko de mia Amato atingis min. Tiun tagon, la sepan de la monato Rabí`u'th-Thání en la jaro 1306 p.H.,[468] mi neniam forgesos. Ĉi tie mi prezentas esencon de Liaj vortoj al mi ĉe tiu memorinda okazo:

"En Tabuleto, kiun Ni revelaciis hieraŭ, Ni klarigis la signifon de la vortoj, 'Deturnu viajn okulojn',[469] dum Nia aludo al la cirkonstancoj rilatantaj la kunvenon en Badasht. En la ĉeesto de pluraj eminentuloj Ni solenis la edziĝon de unu el la

---

[466] La Imám ḥusayn.

[467] "Priskribinte la okazintaŕojn mallonge prezentitaj supre, la bábana historiisto atentigas la specialan valoron kaj unikan karakteron de la atestado de la 'Sep Martiroj'. Ili estis viroj reprezentantaj őiujn pli gravajn klasojn en Persujo – ekleziuloj, dervičoj, komercistoj, butikistoj, kaj registaraj oficistoj; ili estis viroj, kiuj ǎuis őies respekton kaj estimon; ili mortis sentime, volonte, preskaů avide, rifuzante aőeti vivon per tiu nura bučneo, kiu, sub la nomo kitmán aů taqíyyih, estas ekkonita de la čianoj kiel tute pravigebla artifiko okaze de danǎero; oni ne devigis al ili malesperi kompaton, kiel oni faris al tiuj, kiuj mortis őe Šľayňľ ṭabarsí kaj Zanján; kaj ili sigelis sian kredon per sia sango en la placo de la persa őefurbo, kie estas la loǎejoj de la ekstaerlandaj ambasadoroj rajtigitaj al la kortego de la čaho. Kaj ői tie la bábana historiisto pravas: eő tiuj, kiuj parolas severs pri la bábana afero ǎenerale, karakterizante ǎin kiel komunismon detruantan őian moralecon, esprimas kompaton por ői tiuj senkulpaj viktimoj. Al la tago de ilia martirigo ni povus bone rilati la elokventan pripenson de Gobineau pri simila tragedio okazinta du jarojn poste: 'Ői tiu tago aligis al Báb pli da kaǎitaj sekvantoj, ol multaj predikoj povus fari. Mi ŕus diris, ke la impreso farita sur la homojn pere de la ega suferkapablo de la martiroj estis profunda kaj daůra. Mi ofte aůdis la okazintaŕojn de ői tiu tago rakontitaj de vidintoj, de homoj proksimaj al la registaro, kelkaj eő eminentaj funkciuloj. Aůdante ilin, oni povus facile kredi, ke őiuj estis bábanoj, őar tiel multe ili montris senton de admiro por memoroj, pri kiuj Islamo ne ludis la plej belan rolon, kaj pro la alta ideo, kiun ili konfesis rilate al la rimedoj, la esperoj, kaj la granda sukceso de la sekto.'" ("Historio de Vojaǎanto", Noto B. pp. 175-6.)

[468] 11. Decembro 1888 p.Kr.

[469] Laů Islamaj tradicioj, Fáṭimih, filino de Mahometo, aperos nevualita dum či transiros la ponton "ṣiráṭ" en la Juǎotago. Őe čia apero, voőo el la őielo deklaros: "Deturnu viajn okulojn, ho homaro!"

princoj reĝosangaj en ṭihrán, kiam Siyyid Aḥmad-i-Yazdí, patro de Siyyid ḥusayn, la diktaskribisto de Báb, aperis subite ĉe la pordo. Li mansignis al Ni, kaj ŝajne estis portanto de grava konuniko, kiun li deziris tuj transdoni. Tamen, en tiu momento Ni ne povis forlasi la kunvenon, kaj signis al li, ke li atendu. Kiam la kunveno disiĝis, li informis Nin, ke ṭáhirih estis severe malliberigita en Qazvín, kaj ke ŝia vivo estas en granda danĝero. Ni tuj alvokis Muḥammad-Hádíy-i-Farhádíon, kaj donis al li la necesajn instrukciojn por liberigi ŝin kaj eskorti ŝin al la ĉefurbo. Pro tio, ke la malamiko ekokupis Nian domon, Ni ne povis gastigi ŝin daŭre en Nia Hejmo. Ni do aranĝis por ŝi translokiĝon el Nia domo al tiu de la Ministro Milita,[470] kiu en tiuj tagoj estis malaltigita de sia suvereno kaj estis punekzilita al Káshán. Ni petis lian fratinon, kiu ankoraŭ kalkuliĝis inter Niaj geamikoj, ke ŝi agu kiel gastigantino al ṭáhirih.

“Ŝi restis kun ŝi ĝi atingis Niajn orelojn la alvoko de Báb, kiu ordonis al Ni iri al Khurásán. Ni decidis, ke ṭáhirih iru tuj al tiu provinco, kaj komisiis al Mírzá[471] konduki ŝin al loko ekster la urbo-pordego, kaj de tie al iu ajn loko en tiu ĉirkaŭaĵo. Kiun li opinius konsilinda. Ŝi e4stis kondukita al fruktarbejo, en kies proksimeco estis senhoma domo, kie ili trovis maljunulon deĵorantan kiel ĝian zorgiston. Mírzá Músá revenis kaj informis Nin pri la akcepto montrita al ili, kaj multe laŭdis la belecon de la ĉirkaŭanta pejzaĝo. Ni poste aranĝis ŝian foriron al Khurásán, kaj promesis, ke Ni sekvos ŝin post kelkaj tagoj.

“Ni baldaŭ kuniĝis kun ŝi en Badasht, kie Ni luis ĝardenon por ŝia uzo, kaj kiel ŝian pordiston Ni elektis la saman Muḥammad-Hádíon, kiu efektivigis ŝian liberiĝon. Ĉirkaŭ sepdek el Niaj kunuloj estis kun ni kaj loĝis en loko proksima al tiu ĝardeno.

“Unu tagon Ni malsaniĝis kaj enlitiĝis. ṭáhirih sendis peton viziti Nin. Ni miris pri ŝia komuniko, kaj ne sciis, kion respondi. Subite Ni vidis ŝin ĉe la pordo, kun ŝia vizaĝo nevualita antaŭ Ni. Kiel bone Mírzá Áqá Ján[472] komentis pri tiu okazaĵo. ‘La vizaĝo de Fáṭimih.’ Li diris, ‘devos esti malkaŝita en la juĝotago kaj aperi nevualita antaŭ la homaj okuloj. En tiu momento la voĉo de la Nevidato aŭdiĝos, dirante: “Deturnu viajn okulojn de tio, kion vi vidis.”’

Kiel granda estis la konsterno, kiu kaptis la kunulojn en tiu tago! Timo kaj konfuzo plenigis iliajn korojn. Kelkaj, senpovaj toleri tion, kio al ili estis tiel naŭzega deflankiĝo de la firmigitaj moroj de Islámo, forkuris teruregitaj de antaŭ ŝia vizaĝo. Konsternitaj, ili serĉis rifuĝon en senhoma kastelo en tiu ĉirkaŭaĵo. Inter tiujl kiuj skandaliĝis pro ŝia konduto kaj tute disiĝis de ŝi, estis Siyyid-i-Nahrí[473] kaj lia frato Mírzá ḥádí, al kiuj ambaŭ Ni sendis komu8nikon, ke ne estas necese forlasi siajn kunulojn kaj rifuĝi en kastelon.

Niaj amikoj fine disiĝis, lasante Nin al la senkompate de Niaj malamikoj. Kiam poste Ni iris al Ámul, tia estis la tumulto estiĝinta inter la homoj, ke pli ol kvar mil personoj kolektiĝis en la masjidon kaj amasiĝis sur la tegmentjn de siaj domoj. La ĉefa mullá de la urbo amare denuncis Nin. ‘Vi malpurigis la Kredon de Islámo,’ li kriis en sia mázindaránа dialekto, ‘kaj makulis ĝian famon! Hieraŭ nokte mi vidis vin en sonĝo eniri en la masjidon, kiu estis plenega de avida popolamasi, kiu kunvenis por vidi vian alvenon. Dum la homamaso ĉirkaŭis vin, jen mi vidis la Qá’imon starantan en angulo fikse rigardanta vian vizaĝon, kun Liaj trajtoj esprimantaj grandan surprizon. Tiun ĉi sonĝon mi konsideras kiel signon, ke vi deflankiĝis de la vojo de Vero.’ Ni certigis lin, ke la esprimo de surprizo sur tiu vizaĝo estis signo de la ega malaprobo de la Qá’im pri la traktado montrita la Ni de li kaj liaj samurbanoj. Li demandadis nin rilate al la Misio de Báb. Ni informis lin, ke, kvankam Ni neniam renkontis Lin, tamen ni ameme konservas grandan korinklinon por Li. Ni esprimis Nian profundan konvinkon, ke Li nenial agis kontraŭ la Kredo de Islámo.

„Tamen, la mullá kaj liaj sekvantoj rifuzis kredi Nin, kaj malacceptis Nian ateston kiel deflankiĝon de la vero. Ili fine malliberigis Nin, kaj malpermesis al Niaj amikoj viziti Nin. La vicguberniestro de Ámul sukcesis okazigi Nian liberigon. Tra breĉo en la muro, kiun li ordonis al siaj deĵorantoj fari, li ebligis al Ni forlasi tiun ĉambron, kaj kondukis Nin al sia domo. Tuj kiam la loĝantoj informiĝis pri ĉi tiu ago, ili leviĝis kontraŭ Ni, sieĝis la loĝadejon de la guberniestro, s1padis Nin, kaj ĵetegis sur Nin la plej abomenajn parolatakojn.

“En la tempo, kiam Ni celis sendi Muḥammad-Hádíy-i-Farhádíon al Qazvín por efektivigi la liberiĝon de ṭáhirih kaj konduki ŝin al ṭihrán, Shaykh Abú-Turáb skribis al Ni kaj insistis, ke tia provo estas ŝarĝita de seriozaj riskoj kaj povus okazigi senekzemplan tumulton. Ni rifuzis deflankiĝi de Nia celo. Tiu Shaykh estis bonkorulo kun simpla kaj humila humoro, kaj kondutis kun granda digno. Tamen, li malhavis kuraĝon kaj decidon, kaj evidentigis malforton en certaj okazoj.”

Vorto nun estu aldonita rilate al la fermaj gradoj de la tragedio, kiu atestis la heroecon de la Sep martiroj de ṭihrán. Dum tri tagoj kaj tri noktoj ili restis forlasitaj en la Sabzih-Maydán, kiu apudestas la imperiestran palacon, malkaŝitaj al nekalkuleblaj indignindaĵoj, per kiuj senkompata malamikaro superŝutis ilin. Miloj da piaj ŝianoj kunvenis ĉirkaŭ iliaj kadavroj, piedbatis ilin, kaj kraĉis sur iliajn vizaĵojn. Ili estis ŝtonfrapitaj, malbenitaj, kaj mikotaj de la korlea popolamaso. Amasoj da rubo estis ĵetitaj sur iliajn kadavrojn de la apudstarantoj, kaj la plej malbonaj abomenegoj estis

---

[470] Mírzá Áqá Ňľán-i-Núrí, kiu sekvis la Amír-Niyámon, kiuel Granda Veziro de ěaho Naṣíri’d-Dín.

[471] Áqáy-i-Kalím, frato de Bahá’u’lláh.

[472] La diktaskribisto de Bahá’u’lláh.

[473] Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-Nahrí.

faritaj sur iliajn kadavrojn. Nenia voĉo laŭtiĝis proteste, nenia mano etendiĝis por haltigi la brakon de la sovaĝaj persekutantoj.

Trankviliginte la tumulton de sia pasio, ili enterigis ilin ekstere de la portdego de la ĉefurbo, en loko preter la limoj de la publika tombejo, apud la ĉirkaŭfosaĵo, kinter la pordegoj Naw kaj Sháh `Abdu'l-`Aẓím. Ili estis ĉiuj enterigitaj en la sama tombo, tiamaniere restantaj uuiĝintaj korpe, kiel ili estis spirite dum la tagoj de sia surtera vivo.[474]

La novaĵo pri ilia martiriĝo venis kiel nova frapo al Báb, kiu estis jam enprofundiĝinta en malĝojo pri la sorto, kiu okazis al la herooj de ṭabarsí. En la detala Tabuleto, kiun Li revelaciis je ilia honoro, kies ĉiu vorto atestis la altan rangon, kiun ili okupos antaŭ Li, Li aludis al ili kiel eĉ tiuj "Sep Kaproj" menciitaj en la tradicioj de Islámo, kiuj en la Juĝotago "iros antaŭ la promesita Qá'im". Ili simboligos per sia vivo la plej noblan spiriton de heroeco, kaj per sia morto ili evidentigos veran konsenton je Lia volo. Antaŭ la Qá'imon, Báb klarigis, signifas, ke ilia martiriĝo antaŭos tiun de la Qá'im mem. Kiu estas ilia Paŝtisto. Plenumiĝis tiu, kion Báb antaŭdiris, ĉar Lia propra martiriĝo okazis kvar monatojn poste en Tabríz.

Krom la martirigo de Báb kaj tiu de Liaj sep kunuloj en ṭihrán, tiu memorinda jaro vidis la gravegajn okazaĵojn de Nayríz, kiu kulminis per la morto deVaḥíd. Ĉirkaŭ la fino de tiu sama jaro Zanján same fariĝis centro de ŝtormo, kiu muĝis kun ega perforto tra la ĉirkaŭaĵo, okuzigante post si masbuĉadon de multegaj el la plej fervoraj disĉiploj de Báb. Tiu jaro, memorigita de la glora heroeco evidentigita de tiuj fervoraj subtenantoj de Lia Kredo, kiel ankaŭ la mirindaj cirkonstancoj de Lia propra martiriĝo, devos resti ĉiam kiel unu el la plej gloraj ĉapitroj iam enskribita en la sangomakulita historio de tiu Kredo. La tuta lando nigriĝis de la abomenegoj, al kiuj kruela kaj rabema malamiko sin dediĉis. De Khurásán ĉe la orienta limo de Persujo, okcidenten ĝis Tabríz, la loko de la martiriĝo de Báb, kaj de la nordaj urboj Zanján kaj ṭihrán, suden ĝis Nayríz en la provinco Fárs, la tuta lando estis kovrita de mallumo, mallumo, kiu proklamis la tagiĝan lumon de tiu Revelacio, kiun la atendita ḥusayn estis eidentigonta, Revelacio pli potenca kaj pli glora, ol tiu, kiun Báb mem proklamis.[475]

## *Ĉapitro XXII*
## *La Tumulto de Nayríz*

En la fruaj tagoj de la sieĝo de la fortikaĵo de ṭabarsí, Vaḥíd okupiĝis disvastigi la instruojn de la Afero en Burújird, kiel ankaŭ en la provinco Kurdistán. Li volis aligi al la Kredo de Báb la plimulton el la loĝantoj de tiuj regionoj, kaj intencis iri el tie al Fárs kaj tie daŭrigi sian laboradon. Tuj kiam li eklernis pri la foriro de Mullá ḥusayn al Mázindarán, li rapidis al la ĉefurbo kaj entreprenis la necesajn pretiĝojn por sia vojaĝo al la fortikaĵo de ṭabarsí. Li estis pretiĝanta foriri, kiam Bahá'u'lláh alvenis el Mázindarán kaj informis lin, ke ne estos eble kuniĝi kun siaj fratoj. Li ege malĝojis pro ĉi tiu navaĵo, kaj lia sola konsolo en tiuj tagoj estis viziti Bahá'u'lláhon ofte kaj akiri la profiton de Liaj saĝaj netakseblaj konsiloj.[476]

Vaḥíd fine decidis iri al Qazvín kaj rekomenci sian antaŭan laboron. El tie li foriris al Qum kaj Káshán, kie li renkontis siajn kundisĉiplojn kaj sukcesis instigi ilian entuziasmon kaj plifortigi iliajn penojn. Li daŭrigis sian vojaĝon al Iṣfáhán, al Ardistán kaj Ardikán, kaj en ĉiu el tiuj urboj li proklamis fervore kaj sentime la fundamentajn instruojn de sia Majstro kaj sukcesis aligi al la Afero sufiĉe grandan aron da kapablaj subtenantoj. Li atingis Yazdon ĝustatempe por soleni la feston Naw-Rúz kun siaj fratoj, kiuj esprimis sian ĝojon pri lia alveno kaj multe kuraĝiĝis per lia ĉeesto inter ili. Pro tio, ke li estis viro de konata influo, li posedis, krom sia domo en Yazd, kien loĝiĝis lia edzino kaj ŝiaj kvar filoj, hejmon en Dáráb, kiu estis la loĝejo de liaj prapatroj, kaj alian en Nayríz, kiu estis belege meblita.

Li alvenis al Yazd en la unua tago de la monato Jamádíyu'l-Avval, en la jaro 1266 p.H.,[477] kies kvina tago, la datreveno de la Deklaro de Báb, koincidis kun la festo Naw-Rúz. La ĉefaj ulemoj kaj altranguloj de la urbo venis ĉiuj en tiu tago por saluti lin kaj esprimi siajn plej bonajn dezirojn. Navváb-i-Raḍaví, la plej malnobla kaj plej elstaranta inter liaj

---

[474] "Kiam la ekzekutistoj finis sian sangelverĕan laboron, la aőaj rigardantoj, portempe timigitaj de la pacienca kuraăo de la martiroj, denove lasis sian kruelegan fanatikecon eligi insultojn kontraů la kadavroj de tiuj, kies spiritoj jam pasos preter la forto de ilia malico. Ili ŕetis ĕtonojn kaj malpuraŕojn sur la sennmovajn kadavrojn, insultante ilin kaj ekkriante: 'Őí tio estas la rekompenco de la korinklinaj homoj kaj de tiuj, kiuj sekvas la Vojon de Saăeco kaj Vereco!' Kaj ili ne permesis, ke iliaj kadavroj estu enterigitaj en tombejo, sed ili ŕetis ilin en fosaŕon ekster la pordego Šľáh `Abdu'l-`Aýím, kiun ili tiam plenigis." ("Historio de Vouaăanto", Noto B. pp.174-5.)

[475] "Dum ői tiu okazoj sinsekve aperis en norda Persujo, la mezaj kaj sudaj provincoj estis profunde kortuĕitaj de la ardaj predikoj de la misionistoj de la nova doktrino. La popolo, malvorta, trokredema, nescianta, ege superstiőa, miregis pri la senőesaj mirakloj, kiujn ili őiam aůdis rakontataj. La maltrankvilaj mulláoj, sentante sian paroűanaron malpacience tremi, preta eviti ilin, duobligis la senhonorigajn kalumniojn kaj imputojn; la plej malăentilegaj mensogoj, la plej sangaj imagoj estis diskonigitaj de ili al hezita popolaőo sanőeliăanta inter teruro kaj admiro." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.387.)

[476] "Kiam, post kelka tempo pasis," skribas Mírzá Jání, "mi denove havis la honoron renkonti áqá Siyyid Yaḥyáon en ṭihrán, mi vidis en lia majesta vizaăo signojn de gloro kaj potenco, kiujn mi ne rimarkis dum mia unua vojaăo kun li al la őefurbo, nek dum aliaj renkontiăoj, kaj mi sciis, ke ői tiuj signoj antaůsignis la alproksimiăon de lia foriro el la mondo. Poste li diris kelkafoje dum konversacioj: 'Őí tiu estas mia lasta vojaăo, kaj poste vi ne vidos min plu'; kaj ofte, klarige aů implike, li eldiris la saman penson. Kelkafoje, kiam ni estis kune, kaj la konversacio konvene temis, li rimarkigis: 'La sanktuloj de Dio povas antaůdiri okazontaŕojn, kaj mi ŕuras, je tiu Amato, en kies potenca premteno kuĕas mia animo, ke mi scias kaj povus diri, kie kaj kiel mi estos mortigita, kaj kiu mortigos min. Kaj kiel glore kaj benite estas, ke mia sango estu verĕita por la altigo de la Vorto de Vero!'" (La "Táriňľ-i-Jadíd", p.115.)

[477] 1850 p.Kr.

kontraŭuloj, ĉeestis tiun okazon, kaj malice aludis al la malŝparemo kaj pompo de tiu akcepto. “La imperiestra festeno de la ŝaho,” oni aŭdis lin rimarkigi, “apenaŭ povos superi la luksan manĝon, kiun vi provizis al ni. Mi suspektas, ke krom ĉi tiu nacia festo, kiun ni solenas hodiaŭ, vi memorfestas alian krom ĝi.” La sentima kaj ironia rediro de Vaḥíd ekscitis la ridadon de la ĉeestantoj. Pro la avareco kaj malvirteco de la Navváb, ĉiuj aplaŭdis la taŭgecon de lia remarkigo. La Navváb, kiu neniam travivis mokon de tiel granda kaj eminenta anaro, ofendiĝis de tiu respondo. La fajro bruletanta en lia animo kontraŭ lia malamiko nun ekflamis kun plia fortego, kaj instigis lin satigi sian sopiron por venĝo.

Vaḥíd kaptis la okazon proklami sentime kaj malkaŝe en tiu kunveno la fundamentajn principojn de sia Kredo, kaj montri ilian validecon. La plimulto el tiuj, kiuj aŭdis lin, nur parte sciis la elstarantajn karakterizaĵojn de la Afero, kaj ne sciis ĝian plenan signifon. Certaj inter ili estis nekontraŭstareble allogitaj, kaj volonte akceptis ĝin; la ceteraj, senpovaj disputi ĝiajn pretendojn publike, denuncis ĝin en siaj koroj kaj ĵuris elradiki ĝin ĉielpove. Liaj elokventeco kaj sentima klarigado de la Vero flamigis ilian malamikecon kaj fortigis ilian decidon peni senprokraste efektivigi la renverson de lia influo. Eĉ tiu tago vidis la unuiĝon de iliaj fortoj kontraŭ li, kaj signis la komencon de epizodo, kiu estis destinita porti post si tiom da suferado kaj mizero.[478]

Detrui la vivon de Vaḥíd fariĝis la ĉefa celo de ilia agado. Ili disvastigis la novaĵon, ke en la tago Naw-Rúz, meze de la kuniĝintaj altranguloj de la urbo kaj civilaj kaj religiaj, Siyyid Yaḥyáy-i-Dárábí havis la egan sentimecon malkaŝi la pretendajn trajtojn de la Kredo de Báb, kaj citis por sia rezonado pruvojn kaj atestaĵojn elĉerpitajn kaj el la Korano kaj el la tradicioj de Islamo. “kvankam liaj aŭskultantoj”, ili instigis, “rangis inter la plej eminentaj mujtahidoj de la urbo, neniu troviĝis en tiu kunveno, kiu kuraĝus protesti kontraŭ liaj flamaj asertoj pri la pretendoj de lia kredo. La silentado de tiuj, kiuj aŭdis lin, respondecas la ondon de entuziasmo, kiu kaptis la urbon liafavore, kaj alportis ne malpli, ol duonon da ĝiaj loĝantoj al liaj piedoj, dum la ceteraj estas rapide allogataj.”

Ĉi tiu raporto disvastiĝis rapidege ĉien tra Yazd kaj la ĉirkaŭaĵo. Ĝi bruligis unuflanke la flamon de amara malamo, kaj aliflanke aligis sufiĉe grandajn arojn al tiuj, kiuj jam aliĝis al tiu Kredo. El Ardikán kaj Manshád, kiel ankaŭ el la pli malproksimaj urbetoj kaj vilaĝoj, homamasoj, avidaj aŭdi la novan Revelacion, ŝvarmis al la domo de Vaḥíd. “Kion ni faru?” ili demandis al li. “Kiamaniere vi konsilas alni evidentigi la sincerecon de nia Kredo kaj la profundecon de nia sindono?” De mateno ĝis nokto Vaḥíd okupiĝis je solvado de iliaj konfuzoj kaj je direktado de iliaj paŝoj sur la vojo de servado.

Dum kvardek tagoj ĉi tiu agado persistis flanke de liaj fervoraj subtenantoj, kaj viroj kaj virinoj. Lia domo fariĝis la kolektiĝa centro de sennombra anaro da entuziasmuloj, kiuj sopiris elmontri inde la spiriton de la Kredo, kiu flamigis iliajn animojn. La tumulto rezultanta donis al la Navváb-i-Raḍaví novan pretekston, en siaj penoj kontraŭ sia malamiko, por varbi la subtenon de la guberniestro de la urbo,[479] kiu estis juna kaj nesperta en ŝtataj aferoj. Li baldaŭ viktimiĝis al la intrigoj kaj komplotoj de tiu malbona konspiranto, kiu sukcesis inklinigi lin sendi milititistaron por sieĝi la domon de Vaḥíd. Dum regimento de la armeo estis iranta al tiu loko, popolaĉo konsistanta el la malnoblaj elementoj de la urbo, ĉe instigo de la Navváb, estis direktanta siajn paŝojn al tiu sama loko, celante per siaj minacoj kaj malbenoj timigi ĝiajn okupantojn.

Kvankam li estis ĉirkaŭita de malamika anaro ĉiuflanke, tamen, el la fenestro de la supera etaĝo de sia domo, Vaḥíd daŭris vivigi la fervoron de siaj subtenantoj kaj klarigi ĉion, kio restis malklara en iliaj animoj. Ĉe vido de tuta regimento, plifortigita de furiozigita popolaĉo preta ataki ilin, ili turnis sin al Vaḥíd en sia mizero kaj petigis lin direkti iliajn paŝojn. “Eĉ ĉi tiu glavo, kiu kuŝas antaŭ mi” estis lia respondo, dum li restis sidanta apud la fenestro, “estis donita al mi de la Qá’im mem. Dio scias, ke, se mi estus aŭtoritatigita de Li faradi sanktan militon kontraŭ ĉi tiu popolo, sola kaj nehelpita mi estus eldetruinta ilian militistaron. Tamen, mi estas ordonita deteni min de tia ago.” “Eĉ tiun ĉi ĉevalon,” li aldiris, ekvidinte la ĉevalon, kiun lia servanto ḥasan selis kaj kondukis antaŭ la domon, “la mortinta ŝaho Muḥammad donis al mi, por ke per ĝi mi povu entrepreni la mision, kiun li konfidis al mi, ke mi konduku senpartian esploron rilate al la karaktero de la Kredo proklamita de Siyyid-i-Báb. Li petis min raporti persone al li la rezultojn de mia esploro, pro tio, ke mi estis la sola inter la religiaj ĉefoj de ṭihrán, kiun li povis plene fidi. Mi entreprenis tiun mision kun firma decido malpravigi la rezonadon de tiu siyyid, inklinigi al Li forlasi siajn ideojn kaj akcepti mian ĉefecon, kaj konduki Lin kun mi al ṭihrán kiel ateston de la triumfo de mi atingota. Tamen, kiam mi venis en Lian ĉeeston kaj aŭdis Liajn vortojn, okazis la kontraŭo de tio, kion mi imagis. Dum mia unua aŭdienco kun Li, mi estis tute hontigita kaj konfuzita; ĉe fino de la dua, mi sentis min tiel senhelpa kaj nescianta, kiel infano; la tria trovis min tiel humila, kiel la polvo sub Liaj piedoj. Li ja ĉesis esti la malestiminda siyyid, kiun mi antaŭe imagis. Al mi Li estis la malkaŝanto de Dio mem, la vivanta enkorpiĝo de la Dia Spirito. De post tiu tago mi sopiris morti pro Li. Mi ĝojas, ke la tago, kiun mi sopiras vidi, rapide alproksimiĝas.”

---

[478] “Lia ardo subtenis lin, kaj, plenigita de la amo de Dio, li volis konigi eő al la tuta Persujo la gloron kaj la ăojon de la unika kaj eterna Vero. ‘Ami kaj kaĕi la sekreton estas neeble,’ diris la poeto. Ankkaů nia Siyyid ekpredikis malkaĕe, en la moskeoj, en la stratoj, en la bazaroj, en la placoj, fine őie, kie li venis al li konvertitoj multnombraj kaj sinforgesemaj. La mulláoj ege maltrankviliăis kaj forte denuncis la sakrilegion al la guberniestro de la uro.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p,. 390.)

[479] Lia nomo estis Áqá Ňľán.

Vidante la maltrankvilon, kiu kaptis liajn amikojn, li kuraĝigis ilin esti trankvilaj kaj paciencaj, kaj esti certaj, ke la ĉiopova Venĝanto antaŭ nelonge suferigos per sia propra nevidebla mano premegan mavenkon sur la militistaron vicigitan kontraŭ siaj amatoj. Tuj kiam li eldiris tiujn vortojn, alvenis novaĵo, ke certa Muḥammad-`Abdu’lláh, pri kiu neniu supozis, ke li ankoraŭ vivas, subite elvenis kun aro da siaj kamaradoj, kiuj same malaperis for de la vido, kaj, laŭtigante la krion “Yá ṣáḥibu’z-Zamán!”[480] ĵetis sin sur siajn atakantojn kaj disigis ilian militistaron. Li elmontris tian kuraĝon, ke la tuta taĉmento, forlasinte siajn armilojn, rifuĝis kune kun la guberniestro en la fortikaĵon de Nárín.

Tiun nokton Muḥammad-`Abdu’lláh petis enkondukon en la ĉeeston de Vaḥíd. Li certigis lin pri sia kredo je la Afero, kaj konatigis al li la planojn, kiujn li elpensis por venki la malamikaron. “Kvankam via interveno,” Vaḥíd respondis, “hodiaŭ deturnis de ĉi tiu domo la danĝeron de neantaŭvidita malfeliĉego, tamen vi devas ekkoni, ke ĝis nun nia malpaco kun ĉi tiuj popoloj estis limigita al rezonado rilate al la Revelacio de la ṣáḥibu’z-Zamán. Tamen, de nun la Navváb estos inklinigita instigi la popolon kontraŭ ni, kaj asertos, ke mi leviĝis por starigi mian nidisputeblan ssuverenecon super la tutan provincon kaj intencas vastigi ĝin super la tutan Persujon.” Vaḥíd konsilis al li forlasi la urbon tuj, kaj konfidi lin al la zorgemo kaj protektado de la Plejpotenculo. “Ĝis kiam nia difinita horo venos,” li certigis al li, “ĝis tiam la malamiko ne povos suferigi sur nin eĉ malplejan malutilon.”

Tamen, Muḥammad-`Abdu’lláh preferis ignori la konsilon de Vaḥíd. “Estus malkuraĝe miaflanke,” oni aŭdis lin rimarkigi dum li foriĝis, “forlasi miajn amikojn al la senkompato de kolera kaj sangavida malamiko. Kio do estus la diferenco inter mi kaj tiuj, kiuj forlasis la Siyyidu’sh-Shuhadáon[481] en la tago `Áshúrá,[482] kaj lasis lin sola sur la kampo de Karbilá? Dio kompatema, mi esperas, indulgos min kaj pardonos mian agon.”

Dirinte tiujn ĉi vortojn, li direktis siajn paŝojn al la fortikaĵo de Nárín kaj devigis la militistaron, kiu amasiĝis en ĝian ĉirkaŭaĵon, serĉi malgloran rifuĝon interne de la muroj de la fortikaĵo; kaj sukcesis teni interne la guberniestron kune kun tiuj sieĝatoj. Li mem staris garde, preta haltigi ĉiujn plifortigojn, kiuj penus atingi ilin.

Dume la Navváb sukcesis okazigi ĝeneralan tumulton, kiun partoprenis la plimulto de la loĝantoj. Ili estis pretiĝantaj ataki la domon de Vaḥíd, kiam li alvokis Siyyid `Abdu’l-`Aẓím-i-Khu’íon, alnomita la Siyyid-i-Khál-Dár, kiu partoprenis dum kelkaj tagoj la defendon de la fortikaĵo de ṭabarsí, kaj kies digna sintenado allogis ĉiekonatan atenton, kaj ordonis al li surseliĝi sur lian propran ĉevalon kaj direkti publike tra la stratoj kaj bazaroj alpeton liaparte al la tuta loĝantaro, kaj instigi ilin akcepti la Aferon de la ṣáḥibu’z-Zamán. “Ili sciu,” li aldiris, “ke mi malpretendas ian intencon faradi sanktan milition kontraŭ ili. Tamen, ili estu avertitaj, ke, se ili persistos sieĝi mian domon kaj daŭrigos siajn atakojn sur min, tute malgraŭ mia posteno kaj deveno, mi estos devigita, kiel rimedo de sindefendo, rezisti kaj disigi ilian militistaron. Se ili elektos malakcepti mian konsilon kaj cedi al la flustradoj de la ruzema Navváb, mi ordonos al sep el miaj kunuloj reenpuŝi ilian militistaron hontinde kaj premegi iliajn esperojn.”

La Siyyid-i-Khál-Dár eksurseliĝis sur la ĉevalon kaj, eskortata de kvar el siaj elektitaj fratoj, elrajdis tra la vendistarejo kaj elsonoradis en devige majestaj vortoj la averton, kiun li estis komisiita proklami. Ne kontenta pri la komuniko konfidita al li, li kuraĝis aldiri en sia propra neimitebla maniero kelkajn vortojn, per kiuj li penis pliigi la efekton, kiun la proklamo efikis. “Atentu”, li tondris, “se vi malakceptas nian peton. Mia laŭtigita voĉo, mi avertas vin, pruviĝos sufiĉa tremigi eĉ la murojn de via fortikaĵo, kaj la forto de mia brako kapablos faligi la reziston de ĝiaj pordoj!”

Lia superforta voĉo elsonoradis kiel trumpeto, kaj dissemis konsternon en la korojn de tiuj, kiuj aŭdis ĝin. Unuvoĉe la terurigita loĝantaro deklaris sian intencon demeti siajn glavojn kaj ĉesi ĝeni Vaḥídon, kie devenon, ili diris, ili de nun ekkonos kaj respektos.

Devigita de la plena rifuzo de la loĝantoj batali kontraŭ Vaḥíd, la Navváb inklinigis ilin direkti sian atakon kontraŭ Muḥammad-`Abdu’lláh kaj liaj kamaradoj, kiuj estis postenigitaj en la ĉirkaŭaĵo de la fortikaĵo. La kontraŭfrapo de ĉi tiuj militistaroj inklinigis la guberniestron militeliri el sia rifuĝejo kaj instrukcii al la sieĝata taĉmento kuniĝi kun tiuj, kiuj estis verbitaj de la Navváb. Muḥammad-`Abdu’lláh jam komencis disigi la popolaĉon, kiu elkuregis el la urbo kontraŭ li, kiam li estis subite atakita de la pafado, kiun la milistaro ekpafis sur lin laŭ ordono de la guberniestro. Kublo frapis lian piedon kaj terenĵetis lin. Pluraj el liaj subtenantoj estis ankaŭ vunditaj. Lia frato rapide portis lin al sekura loko, kaj de tie portis lin, ĉe lia peto, al la domo de Vaḥíd.

La malamiko sekvis lin al tiu domo, plene decidinte kapti kaj mortigi lin. La bruego de la homoj, kiuj amasiĝis ĉirkaŭ lia domo, devigis Vaḥídon ordoni al Mullá Muḥammad-Riḍáy-i-Manshádí, unu el la plej kleraj ulemoj de Manshád, kiu forĵetis sian turbanon kaj proponis sin kiel lian pordiston, ke li ekeliru kaj, kun la helpo de ses kunuloj, kiujn li elektus, dispelu ilian militistaron. “Ĉiu el vi laŭtigu la voĉon,” li ordonis al ili, “kaj ripetu sepfoje la vortojn ‘Alláh-u-Akbar’,[483] kaj ĉe via sepa alvoko antaŭensaltu en unu kaj la sama momento mezen de viaj atakantoj.”

---

[480] Vidu la Glosaron.

[481] La Imám ḥusayn.

[482] La dekan de Muḥarram, la tago, kiam la Imám ḥusayn estis martirigita.

[483] “Dio estas la Plej Granda”.

Mullá Muḥammad-Riḍá, kiun Bahá’u’lláh nomis Raḍa’r-Rúḥ, ekstariĝis kaj kun siaj kunuloj tuj ekplenumis la instrukciojn, kiujn li ricevis. Tiuj, kiuj akompanis lin, kvankam korpe malfortaj kaj nespertaj pri glavlerteco, flamiĝis per tia kredo, kia faris ilin la teruro de iliaj kontraŭuloj. Sep el la plej kuraĝegaj inter la malamikaro mortis en tiu tago, kiu estis la dudek sepa de la monato Jamádíy’th-Thání.[484] “Tuj kiam ni frakase venkis la malamikojn” Mullá Muḥammad-Riḍá rakontis, “kaj reiris al la domo de Vaḥíd, kuŝanta antaŭ ni ni trovis Muḥammad-`Abdu’lláhon vundita. Li estis portita al nia ĉefo, kaj partoprenis la manĝaĵojn, kiujn oni provizis al ĉi tiu. Poste li estis portita al kaŝloko, kie li restis kaŝita ĝis li resaniĝis de sia vundo. Fine li estis kaptita kaj mortigita de la malamiko.”

En tiu sama nokto Vaḥíd ordonis al siaj kunuloj disiĝi kaj uzi plejan atenton por certigi sian sendanĝerecon. Li konsilis al sia edzino transloĝiĝi, kune kun siaj infanoj kaj ĉiuj siaj apartenaĵoj, al la hejmo de sia patro, kaj postlasi tion, kio ajn estas lia persona propraĵo. “Tiun ĉi palacan loĝadejon”, li informis al ŝi, “mi konstruis kun la sola intenco, ke fine ĝi estu detruita sur la vojo de la afero, kaj la majestaj mebloj, per kiuj mi ornamis ĝin, estis aĉetitaj en la espero, ke unu tagon mi povu oferi ilin pro mia Amato. Tiam kaj amiko kaj malamiko konstatos, ke tiu, kiu posedis tiun ĉi domon, estis dotita de tiel granda kaj netaksebla heredaĵo, ke surtera domego, kiel ajn lukse ornamita kaj belege meblita, havis nenian valoron pro li; ke laŭ lia takso ĝi malaltiĝis al stato de ostamaso, al kiu nur la hundoj de la tero povus senti sin allogitaj. Ke tia deviga signo de la spirito de rizigno povu malfermi la okulojn de ĉi tiu obstinego popolo kaj instigi en ili la deziron sekvi laŭ la piedsignoj de tiu, kiu montris tiun spiriton!”

En la meznokta horaro de tiu sama nokto, Vaḥíd leviĝis kaj, kolektinte la verkojn de Báb en sia posedo, kiel ankaŭ la ekzemplerojn de ĉiuj traktaĵoj, kiujn li mem verkis, li konfidis ilin al sia servanto ḥasan, kaj ordonis al li porti ilin al loko ekster la urbopordego, kie la vojo  malkonverĝas al Mihríz. Li ordonis al li atendi lian alvenon, kaj avertis lin, ke, se li ignorus liajn instrukciojn, li neniam denove povus renkonti lin.

Tuj kiam ḥasan surseliĝis kaj pretiĝis por foriri, atingis liajn orelojn la krioj de la gardostarantoj, kiuj staris garde ĉe la enirejo de la fortikaĵo. Tiamante, ke ili kaptos lin kaj ekprenos la netakseblajn dokumentojn en lia posedo, li decidis sekvi alian vojon, ol tiun, kiun lia majstro instrukciis al li sekvi. Dum li estis preterrajdanta malantaŭ la fortikaĵo, la gardostarantoj rekonis lin, pafmortigis lian ĉevalon, kaj kaptis lin.

Dume Vaḥíd estis pretiĝanta por foriri el Yazd. Lasinte siajn du filojn, Siyyid Ismá`íl kaj Siyyid `Alí-Muḥammad, en la zorgo de ilia patrino, li foriris, akompanata de siaj du aliaj filoj, Siyyid Aḥmad kaj Siyyid Mihdí, kune kun du el siaj kunuloj, kiuj ambaŭ estis loĝantoj de Yazd kaj jam petis permeson akompani lin dum lia vojaĝo. La unua, kiu nomiĝisGhulám-Riḍá, estis viro de escepta kuraĝo, dum ĉi tiu, Ghulám-Riḍáy-i-Kúchik, distingiĝis kiel bona pafisto. Li elektis la saman vojon, laŭ kiu li konsilis al sia servanto vojaĝi, kaj, alveninte sendanĝere al tiu loko, miris trovi, ke ḥasan forestas. Vaḥíd tuj eksciis, ke tiu ignoris liajn ordonojn kaj estis kaptita de la malamiko. Li bedaŭregis lian sorton, kaj rememoris la agon de Muḥammad-`Abdu’lláh, kiu same agis kontraŭ lia volo kaj sekve suferis malutilon. Ili poste informiĝis, ke en la mateno de tiu sama tago ḥasan estis pafigita el kanono,[485] kaj ke certa Mírzá ḥasan, kiu foje estis la imám de unu el la kvartaloj de Yazd, kaj kiu estis viro de ĉiekonata pieco, estis ankaŭ kaptita unu horon poste kaj subigita al la sama sorto, kiel lia kamarado.

La foriro de Vaḥíd el Yazd ekscitis la malamikojn al novaj penoj. Ili kuregis al lia domo, rabis liajn posedaĵojn, kaj tute detruis ĝin.[486] Dume li mem estis direktanta siajn paŝojn al Nayríz. Kvankam nekutiminta piediradi, tamen en tiu nokto li piedvojaĝis sep farsangojn,[487] dum liaj du filoj estis portitaj dum parto de la vojo de liaj du kunuloj. Dum la sekvinta tago li kaŝis sin en kavaĵo de najbara monto. Tuj kiam lia frato, kiu loĝis en tiu ĉirkaŭaĵo kaj sentis profundan korinklinon por li, informiĝis pri lia alveno, li sekrete sendis al li ĉiujn manĝaĵojn, kiujn li bezonis. En tiu sama tago aro da rajdantaj deĵorantoj de la guberniestro, kiu ekpostsekvis Vaḥídon, alvenis al tiu vilaĝo, traserĉis la domon de lia frato, kie ili suspektis, ke li estas kaŝita, kaj alproprigis al si grandan parton de liaj posedaĵoj. Senpovaj trovi lin, ili reiris al Yazd.

Dume Vaḥíd vojaĝis inter la montoj ĝis li atingis la distrikton Bavánáti-Fárs. La plejmulto el ĝiaj loĝantoj, kiuj kalkuliĝis inter liaj fervoraj admirantoj, rapide akceptis la Aferon, inter kiuj estis la bonkonata ḥájí Siyyid Ismá`íl, la Shaykhu’l-Islám de Bavánát. Suviĉe granda aro de ĉi tiuj homoj akompanis lin ĝis la vilaĝo Fasá, kie la loĝantoj rifuzis respondi al la Revelacio, kiun li invitis ilin sekvi.

Dum la tuta vojo, kie ajn li restis, tuj kiam li elseliĝis, la unua penso de Vaḥíd estis serĉi la najbaran masjidon, en kiu li alvokis la loĝantojn aŭdi, kiel li anoncas la novaĵon de la Nova Tago. Tute forgesema pri la provojaĝa lacigo, li ĉiam tuj

---

[484] 10. Majo, 1850 p.Kr.

[485] “Kiam oni estis katenigonta lin dorse al la pafilo, li diris: ‘Katenigu min, mi petas, vizaăe al la pafilo, por ke mi povu vidi ăin pafata.’ La kanonistoj kaj la apudstarantaj rigardantoj miregis pri liaj trankvileco kaj gajeco, kaj tiu, kiu povas esti gaja en tia stato, ja devas havi grandajn kredon kaj suferkapablon.” (La “Táriňľ-i-Jadíd”, p.117.)

[486] “Kiam li konstatis la foriăon de la ribelanto, áqá ňľán ekăemetis malĕarăe. Cetere, li opiniis, ke postkuri forkurintojn povus prezenti kelkajn danăerojn, kaj ke estus multege pli praktike, pli utile, pli profite, kaj malpli danăere turmentegi tiujn bábanojn, aů tiujn, kiuj ĕajnis esti bábanoj – kondiőe ke ili estas riőaj – kiuj restis en la urbo. Li do ordonis serői la plej riőegajn, mortigis ilin kaj konfiskis iliajn posedaŕojn, ankaů li venăis la insultegitan religion, kio eble malmulte gravis al li, sed tiamaniere li plenigis siajn kofrojn, kio treege plaőis al li.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p.391.)

[487] Vidu la Glosaron.

supreniris en la katedron kaj sentime proklamis al sia kongregacio la karakteron de la Kredo, pro kiu li leviĝis por probatali. Li kutimis pasigi nur unu nokton en tiu loko, se li sukcesis allogi al la Afero tiujn homojn, al kiuj li povis fidi, ke ili plivastigu ĝin post lia foriro. Alie li ĉiufoje tuj rekomencis sian fojiron kaj rifuzis plie asocii kun ili. "Tra kiu ajn vilaĝon mi pasas," li ofte rimarkigis, "kaj ne enspiras de ĝiaj loĝantoj la bonodoron de kredo, ĝiaj manĝaĵoj kaj ĝiaj trinkaĵoj ambaŭ estas malbongustaj al mi."

Alveninte al la vilaĝo Rúníz en la distrikto Fasá, Vaḥíd decidis resti kelkajn tagojn. Tiujn korojn, kiujn li trovis impresiĝemaj la lia alvoko, li strebis allogi kaj flamigi per la fajro de la amo de Dio. Tuj kiam la novaĵo pri lia alveno atingis Nayrízon, la tuta loĝantaro de la kvartalo Chinár-Súkhtih elrapidis renkonti lin. Homoj el aliaj kvartaloj ankaŭ, instigitaj de iliaj amo kaj admiro por li, decidis kuniĝi kun ili. Timante, ke Zaynu'l-`Ábidín Khán, la guberniestro de Nayríz, malaprobos ilian viziton, la plejmulto el ili ekeliris nokte. El la kvartalo Chinár-Súkhtih sola, pli ol cent studentoj, antaŭitaj de sia ĉefo, ḥájí Shaykh `Abdu'l-`Alí, bopatro de Vaḥíd, kaj juĝisto de rango konata en tiu distrikto, estis instigitaj kuniĝi kun aro de la plej eminentaj el la altranguloj de Nayríz por saluti la atendatan gaston antaŭ lia alveno al ilia urbo. Inter ĉi tiuj estis Mullá `Abdu'l-ḥusayn, respekteginda viro okdekjara, kiu estis altestimata pro liaj pieco kaj klereco; Mullá Báqir, kiu estis la imám de la kvartalo Chinár-Súkhtih; Mírzá ḥusayn-i-Quṭb, la kad-khudá[488] de la kvartalo Bázár, kun ĉiuj siaj parencoj; Mírzá `Abu'l-Qásim, parenco de la guberniestro; ḥájí Muḥammad-Taqí, kiu estas menciita de Bahá'u'lláh en la "Súriy-i-Ayyúb", kune kun sia bofilo; Mírzá Nawrá kaj Mírzá `Alí-Riḍá, ambaŭ el la kvartalo Sádát.[489]

Ĉiuj ĉi tiuj, kelkaj tage kaj kelkaj nokte, iris ĝis la vilaĝo Rúníz por bonvenigi la vizitanton, kaj certigi lin pri sia neŝanĝebla sindono. Kvankam Báb revelaciis ĝeneralan Tabuleton adresitan precipe al tiuj, kiuj ĵus akceptis Lian Aferon en Nayríz, tamen ĝiaj ricevintoj restis nesciantaj pri ĝia graveco kaj fundamentaj principoj. Estis donite al Vaḥíd klerigi ilin rilate al ĝia vera celo kaj klarigi ĝiajn elstarantajn trajtojn.

Tuj kiam Zaynu'l-`Ábidín Khán informiĝis pri la sufiĉe granda eliro, kiu okazis por bonvenigi la alvenon de Vaḥíd, li sendis specialan senditon kuratingi kaj informi tiujn, kiuj jam foriris, pri lia decido maortigi ilin, kapti la edzinojn kaj konfiski la propraĵojn de ĉiuj, kiuj persistos ĵuri lojalecon al li. Neniu el la foririntoj atentis la averton, sed alie, ili firmtenis ankoraŭ pli pasie al sia ĉefo. Iliaj necedema decido kaj malestima malatento al lia sendito konsternis la guberniestron. Tiamante, ke ĉi tiuj leviĝos kontraŭ li, li decidis translokigi sian loĝadejon al la vilaĝo Quṭrih, kie foje estis lia origina hejmo, kaj kiu kuŝas distancon de ok farsangoj[490] de Nayríz. Li elektis tiun vilaĝon pro tio, ke en ĝia proksimeco staris masiva fortikaĵo, kiun li povus uzi kiel rifuĝejon okaze de danĝero. Plie, li certiĝis, ke ĝiaj loĝantoj estis lertaj pafistoj, kaj ke li povus fidi al ili, kiam ajn li alvokus ilin por defendi lin.

Vaḥíd dume foriris el Rúníz al la sanktejo de Pír-Murád, kiu estis lokoita ekster la vilaĝo Iṣṭahbánát. Malgraŭ la malpermeso proklamita de la ulemoj de tiu vilaĝo kontraŭ lia enlaso, ne malpli, ol dudek el ĝiaj loĝantoj eliris por bonvenigi lin, kaj akompanis lin ĝis Nayríz. Kiam ili alvenis, en la mateno de la dekkvina de Rajab,[491] la unua faro de Vaḥíd, tuj kiam li atingis sian naskkvartalon Chinár-Súkhtih, eĉ antaŭ ol li iris al sia propra domo, estis eniri la masjidon kaj alvoki la kongregacion kuniĝintan ekkoni kaj akcepti la Revelacion de Báb. Malpacienca stari antaŭ la popolamaso, kiu atendis lin, kaj ankoraŭ portanta siajn polvokovritajn vestojn, li supreniris en la katedron kaj parolis kun tia konvinka elokventeco, ke la tuta aŭdantaro flamiĝis per lia alpeto.[492] Ne malpli, ol mil personoj, ĉiuj naskiĝintoj de la kvartalo Chinár-Súkhtih, kaj kvincent aliaj el aliaj partoj de Nayríz, kiuj ĉiuj amasiĝis en la konstruaĵon, spontanee respondis. "Ni aŭdis kaj ni obeas!" kriis kun nedetenema entuziasmo la ĝojega popolamaso, dum ili alproksimiĝis por certigi lin pri siaj fidelĵuro kaj dankemo. La sorĉo, per kiu tiu pasia parolado ĉarmis la korojn de tiuj, kiuj aŭdis ĝin, estis tia, kian Nayríz neniam antaŭe travivis.

"Mia sola celo en tio, ke mi venis al Nayríz," Vaḥíd daŭris, klarigante al sia aŭdantaro, tuj kiam la unua ondo de ekscito trankviliĝis, "estas proklami la Aferon de Dio. Mi dankas kaj gloras Lin pro tio, ke Li ebligis al mi kortuŝi vin per Lia

---

[488] Vidu la Glosaron.

[489] "La Nayrízanoj akceptis Siyyid Yaḥyáon kun plej granda entuziasmo; apenaŭ pasis du tagoj, kiam alvenis homamaso por vidi lin nokte, pro timo de la registaro, diras la Fárs-Námih, kaj disponigis sin al li, pro malamo al la aŭtoritatuloj. Multaj aliaj, precipe loĝantoj de la kvartalo Chinár-Súkhtih, konvertiĝis amase. Tio allogis aliajn, kaj baldaŭ la bábanoj kalkulis en siaj vicoj la ṭullábojn de Chinár-Súkhtih, kiuj nombris ĉirkaŭ cent, kune kun ilia ĉefo ḥájí `Abdu'l-`Alí – patro de la edzino de SiyyidYahya – la nun mortinta Ákhúnd Mullá `Abdu'l-Husayn, ega maljunulo kaj sperte kompetenta pri la religia literaturo, Ákhúnd Mullá Báqir, Pish-namáz de la kvartalo Mullá `Alí Kátib, alia Mullá `Alí kun siaj kvar fratoj, kaj la kad-khudá, kaj Rísh-Safíd, kaj homoj el la kvartalo Bázár, ekzemple la nun mortinta Mashhadí Mírzá ḥusayn alnomita Quṭb, kun sia tuta familio kaj siaj parencoj, la mortinta Mírzá `Abu'l-Qásim, kiu estis nevo de la guberniestro, la mortinta ḥájí Muḥammad-Taqí, alnomita Ayyúb, kaj lia bofilo, Mírzá ḥusayn kaj multaj aliaj el la kvartalo de la Sádátanoj (Siyyidoj), kaj dfilo de Mírzá Nawrá, kaj Mírzá `Alí-Riḍá, filo de Mírzá ḥusayn, kaj filo de ḥájí `Alí, k.t.p., k.t.p. Ĉiuj konvertiĝis, kelkaj nokte kaj tremante, aliaj sentime kaj tage." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.393.)

[490] Vidu la Glosaron.

[491] 27. Majo, 1850 p.Kr.

[492] "Li supreniris la katedron kaj ekkriis: ' Ĉu mi do ne estas tiu, kiun vi ĉiam konsideris kiel vian pastron kaj vian gvidanton? Ĉu ne estas laŭ mia konsilo kaj laŭ miaj ordonoj, ke vi direktis viajn konsciencojn sur la vojo de savo? Ĉu mi ne estas tiu, kies vortojn kaj konsilojn vi ĉiam aŭskultis? Kio do okazis, ke vi traktas min hodiaŭ kiel malamikon de via religio kaj de vi mem? Kiun permesitan aferon mi malpermesis? Kiun malpermesitan aferon mi permesis? Kiun malpiaĵon mi faris? En kiun eraron mi implikis vin? Kaj jen, pro tio, ke mi diris la veron, pro tio, ke mi strebis lojale instrui vin, oni subpremas kaj turmentegas min! Mia koro brulas pro amo por vi, kaj vi martirigas min. Memoru, memoru bone, ke, kiu ajn malĝojigas min, tiu malĝojigas mian Prapatron mahometo, la gloran Profeton, kaj kiu ajn helpas min, tiu helpas Lin. Je nomo de ĉio plej sankta al vi, kiu ajn amas la Profeton, tiu sekvu min!" ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.395.)

Revelacio. Ne estas necese, ke mi restu pli inter vi, ĉar se mi plidaŭrigos mian restadon, mi timas, ke la guberniestro malbone agos kontraŭ vi pro mi. Eble li petos plifortigon el Shíráz kaj detruos viajn hejmojn kaj subigos vin al netakseblaj indignindaĵoj." "Ni estas pretaj kaj rezignaj al la volo de Dio," respondis unuvoĉe la kongregacio. "Dio donacu al ni sian favoron por rezisti la afliktegojn, kiuj ankoraŭ povos okazi al ni. Tamen, ni ne povas kontentiĝi pri tiel abrupta kaj rapida disiĝo de vi."

Tuj kiam ĉi tiuj vortoj aŭdiĝis el siaj lipoj, viroj kaj virinoj kuniĝis por konduki Vaḥídon triumfe al lia hejmo. Ege ekscititaj kaj ĝojaj ili amasiĝis ĉirkaŭ li kaj, kun aplaŭdoj kaj aklamoj eskortis lin eĉi ĝis la enirejo de lia domo.

La malmultaj tagoj, kiujn Vaḥíd konsentis pasigi en Nayríz, estis pasigitaj plejparte en la masjid, kie li daŭris kun sia kutima elokventeco kaj sen malpleja kaŝemo proponi la fundamentajn instruojn, kiujn li ricevis de sia Majstro. Ĉiu tago vidis pliiĝon en la grandeco de lia aŭdantaro, kaj de ĉiu flanko signoj de lia mirinda influo fariĝis pli kaj pli evidentaj.

La ĉarmo, kiun li uzis sur la homojn, ne povis ne furiozigi la dorantan malamikecon de Zaynu'l-`Ábidín Khán. Li estis ekscitita al novaj penoj, kaj ordonis, ke armeo estu varvita por la proklamata celo elradikigi Aferon, kiu, li sentis, ekdetruas rapide lian propran postenon. Li baldaŭ sukcesis varbi armeon de ĉirkaŭ mil viroj konsistanta kaj de kavalerio kaj de infanterio, kiuj estis ĉiuj bone disciplinitaj pri la militarto kaj bone ekipitak per sufiĉa provizo da minicio. Lia plano estis per subita atako fari lin malliberulo.

Tuj kiam li informiĝis pri la celo de la guberniestro, Vaḥíd ordonis al tiuj dudek kunuloj, kiuj foriris el Iṣṭahbánát por bonvenigi lin, kaj kiuj akompanis lin ĝis Nayríz, ke ili okupu la fortikaĵon de Khájih, kiu estis lokita proksime al la kvartalo Chinár-Súkhtih. Li elektis Shaykh ḥádíon, filo de Shaykh Muḥsin, kiel ĉefon de la anaro, kaj instigis siajn sekvantojn loĝantajn en tiu kvartalo fortikigi la pordojn, la turetojn, kaj la murojn de tiu fortikaĵo.

La guberniestro dume translokigis sian sidejon al sia propra domo en la kvartalo Bázár. La militistaro, kiun li varbis, akompanis lin kaj okupis la fortikaĵon lokitan en ĝia ĉirkaŭaĵo. Ĝiaj turoj kaj muroj, kiujn li komencis plifortigi, superis la tutan urbeton. Deviginte al Siyyid Abú-ṭálib, la kad-khudá[493] de tiu kvartalo kaj unu el la kunuloj de Vaḥíd, malokupi sian domon, li fortikigis ĝian tegmenton kaj, posteniginte sur ĝin aron da siaj soldatoj sub komando de Muḥammad-`Alí Khán, li ordonis la ili ekpafi sur lian kontraŭulon. La unua suferanto estis tiu sama Mullá `Abdu'l-ḥusayn, kiu, malgraŭ sia granda aĝo, eliris por bonvenigi Vaḥídon. Li estis preĝanta sur la tegmento de sia domo, kiam kuglo trafis lian dekstran piedon, igante lin ege sangadi. Tiu kruela frapo elvokis la simpation de Vaḥíd, kiu, en skribita komuniko al la suferanto, rapidis esprimi sian malĝojon pri la malutilo, kiun li suferis, kaj kuraĝigi lin per la penso, ke li, ĉe ĉi tiu granda aĝo, estas la unua elektito viktimiĝi sur la vojo de la Afero.

La subiteco de la atako konsternis aron de la kunuloj, kiuj rapideme akceptis la Revelacion kaj ne povis taksi ĝian plenan signifon. Ilia kredo estis tiel severe agitita, ke kelkaj estis inklinigitaj disiĝi noktomeze de siaj kunuloj kaj kuniĝi kun la malamiko. Tuj kiam li informiĝis pri ilia ago, Vaḥíd leviĝis je tagiĝo kaj, surseliĝinte kaj akompanata de aro da siaj subtenantoj, elrajdis al la fortikaĵo de Khájih, kie li ekloĝiĝis.

Lia alveno estis signalo por nova atako sur lin. Zaynu'l-`Ábidín Khán tuj sendis sian pliaĝan fraton, `Alí-`Aṣghar Khán, kune kun mil soldatoj, ĉiuj armitaj kaj bone disciplinitaj, sieĝi tiun fortikaĵon, en kiun sepdek du kunuloj jam rifuĝis. Je sunleviĝo, certa nombro el ili ekeliris laŭ la instukcioj de Vaḥíd, kaj kun eksterordinara rapideco devigis la sieĝantojn disiĝi.

Ne pli, ol tri el la kunuloj mortis dum tiu bataleto. La unua estis Táju'd-Dín, viro konata pri sia sentimo, kies metio estis fabriki lanajn kuláhojn;[494] la dua estis Zayníl, filo de Iskandar, kiu estis terkulturisto profesie; la tria estis Mírzá `Abu'l-Qásim, kiu estis viro de ĉiekonata indeco.

Ĉi tiu plena kaj neatendita malvenko ekscitis la antaŭtimon de princo Fírúz Mírzá, la Nuṣratu'd-Dawlih, guberniestro de Shíráz, kiu ordonis tujan ekstermon de la okupantoj de la fortikaĵo. Zaynu'l-`Ábidín Khán sendis unu el la deĵorantoj de la princo al Vaḥíd por instigi lin, pro la striĉita interrilato inter ili, foriri el Nayríz, en la espero, ke la malbono ekbruligita estos rapide estingita. "Diru al li," respondis Vaḥíd, "ke miaj du infanoj, kune kun siaj du deĵorantoj, estas la solaj kunuloj kun mi. Se mia ĉeesto en ĉi tiu urbeto estas kaŭzonta malbonon, mi volonte foritos. Pro kio, anstataŭ doni al ni bonvenigon decan al ido de la Profeto, li senigis nin je akvo kaj incitis siajn soldatojn sieĝi kaj ataki nin? Se li persistos malpermesi al ni la vivbezonojn, mi avertas lin, ke sep el miaj kunuloj, kiujn li konsideras kiel la plej malestimindaj inter homoj, suferigos sur lian tutan militistaron humiligan malvenkon."

Trovinte, ke Zaynu'l-`Ábidín Khán ignoras lian averton, Vaḥíd ordonis al siaj kunuloj elveni el la fortikaĵo kaj puni siajn atakantojn. Kvankam ili estis ege junaj kaj tute nespertaj en uzado de armiloj, tamen kun admirindaj kuraĝo kaj konfido ili sukcesis senkuraĝigi disciplinitan kaj organizitan armeon. `Alí-`Aṣghar Khán mem mortis, kaj du el liaj filoj estis kaptitaj. Zaynu'l-`Ábidín Khán hontinde returnmarŝis kun tio, kio ankoraŭ restis el lia dispelita militistaro, al la vilaĝo Quṭrih, sciigis al la princo la gravecon de la situacio, kaj petegis lin sendi tujajn plifortigojn, emfazante precipe neceson por grandaj pafiloj kaj granda taĉmento kaj de infanterio kaj de kavalerio.

[493] Vidu la Glosaron.

[494] Vidu la Glosaron.

Trovinte, ke la malamiko celas ilian ekstermon, Vaḥíd siaflanke ordonis, ke la defendaĵoj de la fortikaĵo estu plifortikigitaj, ke akvujo estu konstruita interne de ĝia enfermitaĵo, kaj ke la tendoj, kiujn ili forportis, estu starigitaj ekstere de ĝiaj pordoj. Tiun tagon certaj el liaj kunuloj ricevis difinitajn funkciojn kaj devojn specialajn. Karbilá'í Mírzá Muḥammad estis elektita pordisto de la fortikaĵo; Shaykh Yúsuf, gardisto de la kaso; Karbilá'í Muḥammad, filo de Shamsu'd-Dín estro de la ĝardeno apud la fortikaĵo kaj ĝiaj barikadoj; Mírzá Aḥmad, onko de `Alíy-i-Sardár, estis elektita oficiro estranta la turon de la mueloj konata laŭ la nome Chinár, lokita proksime al la fortikaĵo; Shaykháy-i-Shívih-Kash, ekzekutisto; Mírzá Muḥammad-Ja`far, kuzo de Zaynu'l-`Ábidín Khán, kronikisto; Mírzá Faḍlu'lláh, legisto de ĉi tiuj kronikoj; Mashhadí Taqí-Baqqál, karcerumisto; Ḥájí Muḥammad-Taqí, registristo; kaj Ghulám-Riḍáy-i-Yazdí, kapitano de la aro. Kron la sepdek du kunuloj, kiuj estis kun li en la fortikaĵo kaj akompanis lin el Iṣṭahbánát al Nayríz, Vaḥíd estis inklinigita, laŭ la petoj de Siyyid Ja`far-i-Yazdí, bonkonata teologo, kaj de Shaykh `Abdu'l-`Alí, bopatro de Vaḥíd, enlasi en la fortikaĵon aron de la loĝantoj de la kvartalo Bázár, kune kun kelkaj el siaj propraj parencoj.

Zaynu'l-`Ábidín Khán denove renovigis sian alpeton al la princo, kaj tiun ĉi fojon almetis al sia peto, kiu petegis urĝajn kaj sufiĉajn fortigojn, la sumon de kvin mil túmánoj[495] kiel sian personan donacon al li. Li konfidis sian leteron al unu el siaj intimaj amikoj, Mullá Báqir, permesis lin surseliĝi sur lian propran ĉevalon, kaj instrukciis al li transdoni ĝin persone al la princo. Li elektis lin pro lia sentimeco, liaj fluparoleco kaj takto. Mullá Báqir iris laŭ senhoma vojo, kaj post unutaga vojaĝo atingis likon nomitan Hudashtak, proksime al kiu estis fortikaĵo, ĉirkaŭ kiu triboj, kiuj vagis tra la lando, kelkafoje starigis siajn tendojn.

Mullá Báqir elseliĝis proksime al unu el ĉi tiuj tendoj, kaj dum li estis parolanta kun ĝiaj okupantoj, alvenis Ḥájí Siyyid Ismá`íl, la Shaykhu'l-Islám de Bavánát. Li akiris permeson de Vaḥíd iri al sia naskiĝvilaĝo pro urĝa afero, kaj reveni tuj al Nayríz. Post sia tagmanĝo li vidis, ke lukse ornamkovrita ĉevalo estas ŝnurligita la la ŝnuroj de unu el la proksimaj tendoj. Informiĝinte, ke ĝi apartenas al unu el la amikoj de Zaynu'l-`Ábidín Khán, kiu alvenis el Nayríz kaj estas survoje al Shíráz, Ḥájí Siyyid Ismá`íl, kiu estis viro de escepta kuraĝo, tuj iris al tiu tendo, surseliĝis, kaj, eligiginte sian glavon, severe parolis la jenajn vortojn al la posedanto de la tendo, kun kiu Mullá Báqir estis ankoraŭ konversacianta: "Arestigu tiun ĉi kanajlon, kiu forkuris de antaŭ la Ṣáḥibu'z-Zamán.[496] Katenigu liajn manojn kaj transdonu lin al mi." Timigitaj de la vortoj kaj sintenado de Ḥájí Mullá Ismá`íl, la okupantoj de la tendo tuj obeis. Ili katenigis liajn manojn kaj transdonis la ŝnuron, per kiu ili katenigis lin, al Ḥájí Siyyid Ismá`íl, kiu instigis sian ĉevalon al Nayríz kaj devigis sian kaptiton sekvi lin. Ĉe distanco de du farsangoj de tiu urbeto, li atingis la vilaĝon Rastáq kaj transdonis sian kaptiton al ĝia kad-khudá, kies nomo estis Ḥájí Akbar, instigante, ke li estu kondukita en la ĉeeston de Vaḥíd. Kiam li estis kondukita antaŭ lin, ĉi tiu demandis pri la celo de lia vojaĝo al Shíráz, al kiu li donis nekaŝeman kaj detalan respondon. Kvankam Vaḥíd volonte estus pardonita lin, tamen Mullá Báqir, pro sia sintenado al li, estis fine mortpunita de la kunuloj.

Zaynu'l-`Ábidín Khán, tute ne malfortiĝante en sia decido petegi la helpon bezonatan el Shíráz, tiun ĉi fojon petegis kun plia fervoro al la princo, ke li duobligu siajn penojn por ekstermo de tio, kion li konsideris kiel plej gravan minacon kontraŭ la sekureco de lia provinco. Ne kontenta pri sia fervora petego, li sendis al Shíráz aron de siaj fidindaj soldatoj, kiujn li ŝarĝis per donacoj por la princo, esperante tiamaniere inklinigi lin agi akurate. En plia klopodo certigi la sukceson de siaj penoj, li skribis kelkajn alpetojn al la ĉefaj ulemoj kaj siyyidoj de Shíráz, en kiu li senhonte falsreprezentis la celon de Vaḥíd, longe priskribis liajn ruinigemajn agadojn, kaj instigis ilin propeti al la princo kaj petegi lin rapidigi la sendon de plifortigojn.

La princo volonte plenumis ilian peton. Li instrukciis al `Abdu'lláh Khán, la Shujá`u'l-Mulk, tuj ekiri al Nayríz, akompanata de la regimentoj Hamadána kaj Síllákhura, estrataj de pluraj oficiroj, kaj provizitaj per sufiĉe granda militistaro artileria. Plie, li instrukciis al sia reprezentanto en Nayríz, ke li varbu ĉiujn fortikajn virojn el la ĉirkaŭaĵo, enkalkulante la vilaĝojn Iṣṭahbánát, Íraj, Panj-Ma`ádin, Quṭrih, Bashnih, Dih-Cháh, Mushkán, kaj Rastáq. Al ĉi tiuj li aldonis la anojn de la tribo konata laŭ la nomo Vísbaklaríyyih, al kiuj li ordonis kuniĝi kun la armeo de Zaynu'l-`Ábidín Khán.

Sennombra armeo subite ĉirkaŭis la fortikaĵon, en kiu Vaḥíd hak liaj kunuloj estis sieĝataj, kaj komencis fosi tranĉeojn ĉirkaŭ ĝi kaj starigi barikadojn laŭlonge de tiuj tranĉeoj.[497] Tuj kiam la laboro estis finita, ili ekpafis sur ilin. Kuglo trafis la ĉevalon rajdatan de unu el la deĵorantoj de Vaḥíd dum li staris garde ĉe la pordo. Alia kuglo sekvis tuj post la unua kaj penetris la tureton super tiu pordo. Dum tiu bombardo unu el la kunuloj, celante per sia kanelpafilo al la oficiro estaranta la artilerion, tuj pafmortigis lin, kio rezultis en tio, ke la muĝado de la pafiloj estis tuj silentigita. La atakantoj dume returnmarŝis kaj kaŝis sin en siaj tranĉeoj. En tiu nokto nek la sieĝatoj nek iliaj atakantoj kuraĝis ekeliri el siaj rifuĝejoj.

---

[495] Vidu la Glosaron.

[496] Vidu la Glosaron.

[497] "La aŭtoro de la Násiňľu't-Taváríňľ konstatas sen ia ajn malĉaojo, ke la imperiestra militistaro estis nesperta kaj tute ne deziris batali; do, tute ne suspektante, ke ili iros atake, ili starigis tendaron, kiun ili fortikigis tiel rapide, kiel eble." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.401.)

Tamen, en la dua nokto Vaḥíd alvokis Ghulám-Riḍáy-i-Yazdí kaj instrukciis al li ekeliri el la fortikaĵo kune kun dekkvar el siaj kunuloj kaj forpeli la malamikon. Tiuj, kiuj estis elektitaj por plenumi tiun taskon, estis plejparte maljunuloj, kiujn neniu opinius kapablaj elsuferi tiel furiozan batalon. Inter ili estis ŝuisto, kiu, kvankam li havis pli ol naŭdek jarojn, tamen montris tiajn entuziasmon kaj energion, kiajn nenia junulo esperus superi. La ceteraj el la dekkvar estis nur junuloj, ankoraŭ tute nepretaj batali la danĝerojn kaj elporti la penegon, kiujn tia ekeliro postulus. Tamen, al tiuj herooj, kiujn netimigebla volo kaj neŝancelebla konfido je la alta destino de sia Afero tute transformis, aĝo malmulte gravis. Ilia ĉefo instrukciis al ili dividiĝi tuj post kiam ili estos forlasinta la ŝirmon de la fortikaĵo kaj, samtempe laŭtigante la krion "Alláh-u-Akbar!"[498] salti mezen de la malamiko.

Tuj kiam la signalo estis farita, ili leviĝis kaj, rapidante al siaj ĉevaloj kaj kanelpafiloj, elmarŝis tra la pordo de la fortikaĵo. Sentimaj pri la pafado, kiu elŝprucis el la kanonoj, kaj pri la kugloj, kiuj pluvadis sur iliajn kapojn, ili eniĝis senpripense mezen de siaj kontraŭuloj. Ĉi tiu neatendita batalo daŭris ne malpli ol ok horojn, dum kiuj tiu sintima anaro povis elmontri tiajn lertecon kaj kuraĝon, kiaj mirigis la veteranojn de la malamiko. El la urbeto Nayríz, kiel ankaŭ ĝiaj ĉirkaŭaj fortikaĵoj, plifortigoj rapidegis por helpi la malgrandan aron, kiu kontraŭstaris tiel brave la kunigitan militistaron de tuta armeo. Dum plivastiĝis la amplekso de la batalo, laŭtiĝis el ĉiu flanko la voĉoj de la virinoj de Nayríz, kiuj rapidegis sur la tegmentojn de siaj domoj aklami la heroecon tiel imprese elmontritan. Iliaj ĝojegaj aplaŭdoj aldonis sin al la muĝado de la pafiloj, kiu akiris plian laŭtecon per la kriego "Alláh-u-Akbar!" kiun la kunuloj en ega ekscito laŭtigis dum tiu tumulto. La bruego iniciata de iliaj virinoj, iliaj mirigaj kuraĝego kaj aplombo, tute senkuraĝigis iliajn kontraŭulojn kaj paralizis iliajn penojn. La tendaro de la malamiko estis senhoma kaj forlasita, kaj prezentis malĝojan vidaĵon dum la venkintoj reiris al la fortikaĵo. Ili portis kun si, krom la dolorige vunditajn, ne malpli ol sesdek mortigitojn, inter kiuj estis la jenaj:

1. Ghulám-Riḍáy-i-Yazdí (li ne estu konfuzita kun la kapitano de la militistaro, kiu havis la saman nomon),
2. Frato de Ghulám-Riḍáy-i-Yazdí,
3. `Alí, filo de Khayru'lláh,
4. Khájih ḥusayn-i-Qannád, filo de Khájih Ghaní,
5. Aṣghar, filo de Mullá Mihdí,
6. Karbilá'í `Abdu'l-Karím,
7. ḥusayn, filo de Mashhadí Muḥammad,
8. Zaynu'l-`Ábidín, filo de Mashhadí Báqir-i-ṣabbágh,
9. Mullá Ja`far-i-Mudhahhib,
10. `Abdu'lláh, filo de Mullá Músá,
11. Muḥammad, filo de Mashhadí Rajab-i-ḥaddád,
12. Karbilá'í ḥasan, filo de Karbilá'í Shamsu'd-Dín-i-Malikí-Dúz,
13. Karbilá'í Mírzá Muḥammad-i-Zári`,
14. Karbilá'í Báqir-i-Kafsh-Dúz,
15. Mírzá Aḥmad, filo de Mírzá ḥusayn-i-Káshí-Sáz,
16. Mullá ḥasan, filo de Mullá `Abdu'lláh,
17. Mashhadí ḥájí Muḥammad,
18. Abú-ṭálib, filo de Mír Aḥmad-i-Nukhud-Biríz,
19. Akbar, filo de Muḥammad-i-`Áshúr,
20. Taqíy-i-Yazdí,
21. Mullá `Alí, filo de Mullá Ja`far,
22. Karbilá'í Mírzá ḥusayn,
23. ḥusayn Khán, filo de Sharíf,
24. Karbilá'í Qurbán,
25. Khájih Káẓim, filo de Khájih `Alí,
26. Áqá, filo de ḥájí `Alí,
27. Mírzá Nawrá, filo de Mírzá Mu`íná.

Tiel plena malvenko konvinkis Zaynu'l-`Ábidín Khánon kaj lian stabon pri la senutileco de iliaj penoj devigi per publika batalo la submetiĝon de siaj kontraŭuloj.[499] Kiel okazis kun la armeo de princo Mihdí-Qulí Mírzá, kiu malfeliĉege malsukcesis subigi siajn kontraŭulojn juste sur

---

[498] Vidu la Glosaron.

[499] "Kvankam tiun ĉi fojon la perdoj estis proksimume egalaj, tamen la imperiestra militistaro ne havis tial malpli da timo. Aferoj longdaŭris kaj cetere povus konfuzigi la mahometanojn. Ĉi tiuj do decidis uzi ruzon." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.403.)

la kampo, tiel ankaŭ perfido kaj malhonesteco pruviĝis fine la solaj armiloj, per kiuj malkuraĝa popolo povis venki nevenkeblan malamikon. Per la ruzoj, al kiuj Zaynu'l-`Ábidín Khán kaj lia stabo fine turnis sin, malgraŭ la vastaj rimedoj je ilia dispono kaj la moroala subteno, kiun la guberniestro de Fárs kaj la loĝantoj de la tuta proc'vinco montris al ili, ili evidentigis sian senpovon venki tion, kio ŝajnis esti nur plenmano de nespertaj kaj malestimindaj homoj. En siaj koroj ili konvinkiĝis, ke malantaŭ la muroj de tiu frotikaĵo kolektiĝis aro da volontuloj, kiun nenia forto ja ilia dispono povus kontraŭstari kaj venki.

Laŭtigante la krion de paco, ili penis per tia malinda ruzo trompi tiujn purajn kaj noblajn korojn. Dum kelkaj tagoj ili interrompis ĉiujn malamikaĵojn, post kiam ili sendis solenan kaj skribitan alpeton al la sieĝantoj, kiu enhavis la jenan esencon: "Ĝis nun, ĉar ni estis nesciantaj pri la vera karaktero de via Kredo, ni lasis, ke la malbonuloj inklinigu nin kredi, ke ĉiu el vi profanas la sanktajn instruojn de Islámo. Pro tio ni leviĝis kontarŭ vi kaj penis ekstermi vian Kredon. Dum la pasintaj kelkaj tagoj ni informiĝis pri la fakto, ke viaj agadoj estas nemakulitaj de ia politika motivo, ke neniu el vi konservas ian emon renversi la fundamentojn de la Stato. Ni ankaŭ konvinkiĝis pri la fakto, ke viaj instruoj ne supozigas ian gravan deflankiĝon de la fundamentaj instruoj de Islámo. Ĉio, kion vi ŝajnas subteni, estas pretando, ke aperis viro, kies vortoj estas inspiritaj kaj kies atestado estas certa, kaj kiun ĉiuj sekvantoj de Islámo devas ekkoni kaj subteni. Ni tute ne povas esti konvinkitaj pri la valideco de ĉi tiu pretendo krom se vi konsentos tutplene fidi je nia sincereco kaj akcepti nian peton permesi certajn el viaj reprezentantoj elveni el la fortikaĵo kaj renkonti nin en ĉi tiu tendaro, kie, post kelkaj tagoj, ni povos certiĝi pri la karaktero de via kredo. Se vi pruviĝos kapablaj evidentigi al verajn pretendojn de via Kredo, ni ankaŭ volonte akceptos ĝin, ĉar ni ne estas malamikoj de la Vero, kaj neniu el ni deziras nei ĝin. Vian ĉefon ni ĉiam ekkonis kiel unu el la plej kapablaj probatalantoj pro Islámo, kaj ni konsideras lin kiel nian ekzemplon kaj gvidanton. Ĉi tiu Korano, al kiu ni alfiksas niajn sigelojn estas atesto pri la honesteco de nia celo. Tiu sankta Libro decidu, ĉu la pretendo de vi antaŭenigata estas vera aŭ malvera. La malbeno de Dio kaj Lia Profeto estu sur ni se ni provos trompi vin. Via akcepto de nia invito savos tutana armeon de detruo, sed via malakcepto lasos ilin en necerteco kaj dubo. Ni promesas, ke, tuj kiam ni konvinkiĝos pri la vero de via Revelacio, ni strebos elmontri la samajn fervoron kaj sindonon, kiujn vi jam tiel imprese evidentigis. Viaj amikoj estos niaj amikoj, kaj viaj malamikoj neaj malamikoj. Kon ajn via ĉefo elektos ordoni, tion ni promesas obei. Aliflanke, se ni ne konvinkiĝos pri la vero de via pretendo, ni solene promesas, ke ni tute ne kontraŭstaros vian sendanĝeran reiron al la fortikaĵo, kaj ni volonte rekomencos nian batalon kontraŭ vi. Ni petegas vin, ke vi rifuzu verŝi pli da sango, antaŭ ol vi provos starigi la veron de via Afero."

Vaḥíd ricevis la Koranon kun ega respekto kaj kisis ĝin pie. "Nia definita horo sonoris," li rimarkigis. "Nia akcepto de ilia invito certe egos ilin senti la malindecon de sia perfido." "Kvankam mi bone scias iliajn ruzojn," li aldiris, turnante sin al siaj kunuloj, "tamen mi sentas, ke estas mia devo akcepti ilian alvokon kaj profiti la okazon provi denove malkaŝi la verecon de mia amata Kredo." Li ordonis al ili daŭrigi la plenumon de siaj devoj, kaj tute ne fidi tion, kion iliaj kontraŭuloj pretekstus kredi. Plie, li ordonis al ili interrimpi ĉiujn malamikaĵojn ĝis plua sciigo de li.

Per ĉi tiuj vortoj li adiaŭis siajn kunulojn kaj, akompanata de kvin deĵorantoj, inter kiuj estis Mullá `Alíy-i-Mudhahhib kaj la perfidema ḥájí Siyyid `Ábid, ekiris al la tendaro de la malamiko. Zaynu'l-`Ábidín Khán, akompanata de Shujá`u'l-+Mulk kaj ĉiuj anoj de lia stabo, elvenis bonvenigi lin. Ili ceremonie akceptis lin, kondukis lin al tendo precipe starigitan por lia akcepto, kaj konatigis lin al la ceteraj oficiroj. Li eksidis sur seĝo, dum la cetera anaro, kun escepto de Zaynu'l-`Ábidín Khán, Shujá`u'l-Mulk, kaj alia oficiro, al kiu li signis, ke li eksidu, ĉiuj staris antaŭ li. La vortoj, per kiuj li alparolis ilin, estis tiaj, ke eĉ ŝtonkora homo ne povus ne senti ilian potencon. Bahá'u'lláh, en la "Súriy-i-ṣabr", eternigis tiun noblan alpeton kaj malkaŝis ĝian plenan signifon. "Mi venis al vi", Vaḥíd deklaris, "armita per la atestado, kiun mia Sinjoro konfidis al mi. Ĉu mi ne estas ido de la Profeto de Dio? Pro kio vi leviĝis mortigi min? Kial vi eldiris mian mortordonon, kaj rifuzis ekkoni la sendubajn rajtojn, kiujn mia deveno havigis al mi?"

La majesto de lia sentenado, kun lia penetra elokventeco, konfuzigis liajn aŭdantojn. Dum tri tagoj kaj tri noktoj ili malŝpareme regalis lin kaj traktis lin kun ega respekto. Dum sia kongregacia preĝo ili ĉiam sekvis lian gvidadon kaj atente aŭskultis al lia prediko. Kvankam ekstere ili ŝajnis plenumi lian volon, tamen ili estis sekrete komplotantaj kontraŭ lia vivo kaj konspirantaj ekstermi la restaĵon de liaj kunuloj. Ili bone sciis, ke, se ili suferigus sur lin malplejan malutilon dum liaj kunuloj restas ĉirkaŭfositaj malantaŭ la muroj de sia fortikaĵo, ili malkaŝus sin al danĝero eĉ pli granda, ol tiu, kiun ili jam devis kontraŭstari. Ili tremis pri la furiozo kaj venĝo de iliaj virinoj ne malpli, ol pri la kuraĝo kaj lerteco de iliaj viroj. Ili sciis, ke ĉiuj rimedoj de la armeo estis senpovaj subigi plenmanon da nematuraj junuloj kaj kadukaj maljunuloj. Nenio krom sentima kaj bone elpensita artifiko povus certigi ilian finan venkon. La timo, kiu plenigis iliajn korojn, estis grandamezure inspirita per la vortoj de Zaynu'l-`Ábidín Khán, kiu kun seninterrompa decido daŭre penis pliigi la malamikecon, per kiu li flamigis iliajn animojn. La ripetitaj admonoj de Vaḥíd ekscitis lian antaŭtimon, ke li sukcesos per la magio de siaj vortoj inklinigi ilin transdoni sian lojalecon al tiel elokventa kontraŭulo.

Zaynu'l-`Ábidín Khán kaj liaj amikoj fine decidis peti al Vaḥíd, ke li skribu propramane komunikon al siaj kunuloj, kiuj ankoraŭ estis en la fortikaĵo, por informi ilin, ke amika kompromiso de ilia malpaciĝo efektiviĝis, kaj por instigi ilin aŭ kuniĝi kun li ĉe la ĉefsidejo de la armeo aŭ reiri al siaj hejmoj. Kvankam li estis malinklina konsenti al tia peto, tamen Vaḥíd fine devis submetiĝi. Kron ĉi tiu komuniko, li konfidence informis siajn kunulojn en dua letero pri la malbonaj ruzoj de la malamiko, kaj avertis ilin ne lasi, ke oni trompu ilin. Li konfidis ambaŭ leterojn al ḥájí Siyyid `Ábid, instrukciante al li detrui la unuan kaj transdoni la duan al siaj kunuloj. Plie, li ordonis al li instigi ilin elekti la plej kapablajn inter si kaj ekeliri noktomeze kaj disigi la militistaron de la malamiko.

Tuj kiam ḥájí Siyyid `Ábid ricevis tiujn ĉi ordonojn, li perfide komunikis ilin al Zaynu'l-`Ábidín Khán. Ĉi tiu tuj penis inklinigi lin instigi la okupantojn de la fortikaĵo, je la nome de sia ĉefo, ke ili disiĝu, promesante, ke li riĉege rekompencus lin pro tio. La mallojala sendito transdonis la unuan leteron al la kunuloj de Vaḥid kaj informis ilin, ke ilia ĉefo sukcesis allogi al sia Kredo la tutan armeon, kaj ke pro ĉi tiu konvertiĝo li konsilas al ili iri hejmen.

Kvankam ege konfuzitaj per tia komuniko, tamen la kunuloj sentis, ke ne estus bone ignori la dezirojn, kiujn Vaḥíd tiel klare esprimis. Ili nevoleme disiĝis, lasante ĉiujn fortikigojn ne garditaj. Obeante la ordonojn skribitajn de sia ĉefo, kelkaj el ili forĵetis siajn armilojn kaj direktis siajn paŝojn al Nayríz.

Zaynu'l-`Ábidín Khán, atendante tujan malokupon de la fortikaĵo, sendis tacmenton de sia militistaro por haltigi ilian eniron en la urbeton. Ili estis baldaŭ ĉirkaŭitaj de amaso da armitaj soldatoj, kiuj estis daŭre plifortigataj el la ĉefsidejo de la armeo. Trovinte sin tiel neatendite ĉirkaŭitaj, ili decidis ĉielpove rpuŝi la atakon kaj atingi la Masjid-i-Jámi`on tiel rapide, kiel eble. Helpe de glavoj kaj kanelpafiloj, kiujn kelkaj el ili portis, aliaj nur per bastojoj kaj ŝtonoj, ili penis devigi sian vojon al la urbeto. La krio "Alláh-u-Akbar!"[500] denove laŭtiĝis pli furioze kaj pli devige, ol antaŭe. Kelkaj inter ili suferis martiriĝon dum ili devigis sian vojon tra la vicojn de siaj perfidemaj atakantoj. La ceteraj, kvankam vunditaj kaj atakataj de freŝaj plifortigoj, kiuj persekutis ilin el ĉiu flanko, fine sukcesis antigi la ŝirmon de la masjid.

Dume la malbonfama Mullá ḥasan, filo de Mullá Muḥammad-`Alí, oficiro en la armeo de Zaynu'l-`Ábidín Khán, kune kun siaj soldatoj sukcesis pli rapide antaŭiri siajn kunulojn kaj, kaŝinte sin en unu el la minaretoj de tiu masjid, embuskis la forkurantojn. Tuj kiam la disigita anaro alproksimiĝis al la masjid, li ekpafis sur ilin. Certa Mullá ḥusayn rekonis lin kaj, laŭtigante la krion "Alláh-u-Akbar!" suprenrampis la minareton, celis sian kanelpafilon al tiu malkuraĝa oficiro, kaj tereĵetigis lin. Liaj amikoj forportis lin al loko, kie li povis resaniĝi de sia vundo.

La kunuloj, jam senpovaj akiri ŝirmon en la masjid, devis kaŝi sin en iu ajn sendanĝera loko, kiun ili povis trovi, ĝis kiam ili povus certiĝi pri la sorto de sia ĉefo. Ilia unua penso post sia perfido estis serĉi lian ĉeeston kaj plenumi kiujn ajn instrukciojn li dezirus ordoni al ili. Tamen, ili ne povis eltrovi, kio okazis al li, kaj tremis je la penso, ke eble oni mortigis lin.

Dume Zaynu'l-`Ábidín Khán kaj lia stabo, kurĝigitaj de la disiĝo de la kunuloj, energie penis eltrovi iajn rimedojn, per kiuj ili povus eviti la devojn de sia solena ĵuro kaj nemalhelpite mortigi sian ĉefan kontraŭulon. Ili penis per ia verŝajna ruzo flankenmeti siajn sanktajn promesojn kaj rapidigi la plenumon de longekonservita deziro. Dum ilia konsiliĝo, `Abbás-Qulí Khán, viro malbonfama pro siaj senkompato kaj krueleco, certigis siajn kamaradojn, ke, se la penso pri tiu ĵuro konfuzas ilin, li mem neniel partoprenis tiun deklaron, kaj estas preta plenumi tion, kion ili sentas malbone fari. „Mi povas aresti kiam ajn," li ekkriis indigne, „kaj mortigi kiun ajn mi opinias kulpa pri tio, ke li malobeis la leĝojn de la lando." Tuj poste li alvokis ĉiujn tiujn, kies parencoj pereis, ke ili plenumu la mortordonon kontraŭ Vaḥíd. La unua, kiu prezentis sin, estis Mullá Riḍá, kies frato Mullá Báqir estis kaptita de la Shaykhu'l-Islám de Bavánát; la dua estis viro nomita ṣafar, kies frato Sha`bán pereis; la tria estis Áqá Khán, kies patro, `Alí-`Aṣghar Khán, pliaĝa frato de Zaynu'l-`Ábidín Khán suferis la saman sorton.

En sia avido plenumi la sugeston de `Abbás-Qulí Khán, ĉi tiuj viroj ekprenis la turbanon de la kapo de Vaḥíd, volvis ĝin ĉirkaŭ lia kolo, kaj, liginte lin al ĉevalo, trenis lin malhonore tra la stratojn.[501] La indignindaĵoj , per kiuj oni superŝutis lin, rememorigis tiujn, kiuj vidis tiun teruran vidaĵon, pri la tragedia fino de la Imám ḥusayn, kies korpo estis forlasita al la senkompate de furiozigita malamiko, kaj kiun amaso de rajdistoj senkompate piedpremis. La virinoj de Nayríz, plej ege ekscititaj per la kriegoj de triumfo, kiujn laŭtigis sangavida malamiko, amasiĝis el ĉiu flanko ĉirkaŭ la kadavro, kaj, akompanataj de tamburoj kaj cimbaloj, plene eligis siajn sentojn de libera fanatikeco. Ili dancis gaje ĉirkaŭ ĝi, malestimante la vortojn, kiujn Vaḥíd dum sia angoro parolis, vortoj, kiujn la Imám ḥusayn en antaŭa epoko kaj en similaj cirkonstancoj eldiris: "Vi scias, ho mia Amato, ke mi forlasis la mondon pro Vi kaj fidas nur je Vi. Mi estas senpacienca rapidi al Vi, ĉar la belo de Via vizaĝo estas malkaŝita al miaj okuloj. Vi vidas la malbonajn ruzojn, kiujn mia malvirta persekutanto konservas kontraŭ mi. Ne, neniam mi submetiĝos al liaj deziroj aŭ ĵuros mian lijalecon al li."

Tiel finiĝis nobla kaj heroa vivo. Tiel okazplena kaj brila kariero, eminenta pro tiel vasta klereco,[502] tiel heroa kuraĝo, kaj tiel bonega spirito de sinofero, certe postulis kiel kronon, morton tiel gloran, kiel tiu, kiu kompletigis lian martiriĝon.[503] La estingo de tiu vivo estis signalo por furioza atako sur la vivojn kaj havaĵojn de tiuj, kiuj aliĝis al lia Kredo. Ne malpli, ol kvin mil soldatoj estis komisiitaj al tiu malnobla tasko. La viroj estis kaptitaj, katenigitaj, malbone

---

[500] Vidu la Glosaron.

[501] !Li ekprenis la verdan zonon de Yaḥyá, simbolo de lia sankta deveno, nodligis ăin őirkaů lia kolo kaj ektrenis lin sur la tero. Poste venis ṣafar, kies frato Šľa'bán viktimiăis pro la milito, poste áqá Ján, filo de `Alí-`Aṣřľar Ňľán, frato de Zaynu'l-`Ábidín Ňľán. Kaj la mahometanoj, ekscititaj de tiu vidaŕo, ětonbatis la mafeliőulon kaj finmortigis lin per senőesa uzo de bastonoj. Tiam oni detranőis lian kapon, oni sendigis ăin je ăia haůto, kiun oni plenigis per pajlo, kaj oni sendis tiun trofeon al Šľíráz." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de Al:lM. Nicolas, p.406.)

[502] Laů la atestado de `Abdu'l-Bahá, li lernis parkere ne malpli, ol tridek mil tradiciojn. (Manuskripto titolita "Bahaaj Martiroj".)

[503] Bahá'u'lláh aludas al li kiel al "tiu unika kaj senegala homo de dia epoko". (La "Kitáb-i-Íqán", p.188.) Báb, en la "Dalá'il-i-Sab`ih", aludas al li en la jenaj vortoj: "Vidu denove la numeron de la nomo de Dio (Siyyid Yaḥyá). Ői tiu vor vivis tiel trankvile kaj pure, ke neniu, őu amiko aů malamiko, neas liajn talentojn kaj lian sanktecon; őiuj admiris lian eminentecon pri sciado kaj la altan rangon, kiun li atinis en filozofio. Rememoru la komentarion pri la Súratu'l-Kawtľar (Korano: S.108) kaj la aliajn traktaŕojn, kiujn oni verkis por li, kaj kiuj pruvas la altrangecon, kiun li okupas proksime al Dio!" ("La Libro de la Sep Pruvoj", Tradukaŕo de A.L.M. Nicolas, pp.54-55.)

traktitaj, kaj fine buĉitaj. La virinoj kaj infanoj estis kaptitaj, kaj subigitaj al tiaj brutulecoj, kiujn nenia plumo kuraĝas priskribi. Iliaj posedaĵoj estis konfiskitaj, kaj iliaj domoj estis detruitaj. La fortikaĵo de Khájih estis bruligita ĝis la tero. La plejmulto el la viroj estis unue kondukitaj enkatenigitaj al Shíráz, kaj tie plejparte suferis kruelan morton.[504] Tiuj, kiujn Zaynu'l-`Ábidín Khán, pro celoj de persona profito, enigis en mallumajn kaj subterajn malliberejojn, estis transkondukitaj, tuj kiam lia celo estis atingita, al liaj soldataĉoj, kiuj krimfaris sur ilin agojn de nedirebla krueleco.[505] Ili estis paradmarŝigitaj unue tra la stratoj de Nayríz, poost kio ili estis subigitaj al kruelega traktado en la espero eltiri el ili kiun ajn materian profiton iliaj persekutantoj ĝis nun ne povis akiri. Post kiam ĉi tiuj kontentigis sian avidecon, ĉiu viktimo devis suferi angoran morton. Ĉiu ilo de turmentego, kiun iliaj ekzekutistoj povis elpensi, estis uzita por satigi ilian sopiron al venĝo. Ili estis brulstampitaj, iliaj ungoj estis eltiritaj, iliaj korpoj estis skurĝitaj, en iliajn nazojn estis faritaj entranĉoj, tra kiujn oni trapuŝis ŝnureton, najloj estis martelitaj en iliajn manojn kaj piedojn, kaj en tiu kompata stato ĉiu el ili estis trenita tra la stratoj kiel objekto de malestimo kaj moko al ĉiuj homoj.

Inter ili estis certa Siyyid Ja`far-i-Yazdí, kiu en antaŭaj tagoj uzis egan influon kaj estis multe honorigata de ĉiuj. Tiel granda estis la respekto ŝuldata al li, ke Zaynu'l-`Ábidín Khán montris al li antaŭecon super si kaj traktis lin kun ega respekto kaj ĝentileco. Li ordonis, ke la turbano de tiu sama viro estu malpurigita kaj ĵetita en fajron. Senigita je la emblemo de sia deveno, li estis montrata al la publiko, kiu marŝis antaŭ li kaj superŝutis lin per insultoj kaj mokoj.[506]

Alia viktimo de ilia tiraneco estis Ḥájí Muḥammad-Taqí, kiu en pasintaj tagoj ĝuis tian reputacion pri honesteco kaj justeco, ke la juĝistoj ĉiam konsideris lian opinion kiel la decidan vorton en sia juĝado. Tiel granda kaj estimata viro estis vintromeze senvestita, ĵetita en lageton, kaj skurĝita severe. Siyyid Ja`far kaj Shaykh `Abdu'l-`Alí, bopatro de Vaḥíd kaj la ĉefa teologo de Nayríz, kiel ankaŭ juĝisto de granda reputacio, kune kun Siyyid Ḥusayn, unu el la konatuloj de la urbeto, estis kondamnitaj suferi la saman sorton. Dum ili estis malkovritaj al la malvarmego, la kanajlaro estis dungita superŝuti iliajn tremantajn korpojn per abomenaj kruelaĵoj. Multaj el tiuj malriĉuloj, kiuj rapidis akiri la rekompencon promesitan pro ĉi tiuj malbonega faro, ribelis, kiam ili informiĝis pri la karaktero de la tasko difinita al ili plenumi, kaj malakceptante la monin, deturnis sin malŝatege kaj malestime.[507]

La tago de la martirigo de Vaḥíd estis la dekoka de la monato Sha`bán, en la jaro 1266 p.H.[508] Dek tagojn poste Báb estis pafmortigita en Tabríz.***Ĉapitro XXIII***

## *Martiriĝo de Báb*

La rakonto pri la tragedio, kiu signis la finajn gradojn de la Nayríza tumulto, disvastiĝis tra la longeco kaj vasteco de Persujo kaj ekbruligis mirigan entuziasmon en la koroj de tiuj, kiuj aŭdis ĝin. Ĝi ege konsternigis la aŭtoritatulojn de la ĉefurbo kaj instigis ilin al decido de malespero. La Amír-Niẓám, la Granda Veziro de ŝaho Náṣiri'd-Dín, estis precipe eltimigita per ĉi tiuj signoj de nesubigebla volo, de furioza kaj nefleksebla persistemo de kredo. Kvankam la militistaro de la imperiestra armeo ĉie triumfis, kvankam la kunuloj de Mullá Ḥusayn kaj Vaḥíd estis unu post la alia mortigitaj en senkompata buĉado fare de ĝiaj oficiroj, tamen al la ruzaj mensoj de la regantoj de Ṭihrán estis klare kaj evidente, ke la spirito respondeca pri tiel malofta heroeco estis neniel venkita, ke ĝia potenco tute ne estis rompita. La lojaleco, kiun la

[504] "Siyyid Yaḥyá estis strangolita per sia propra zono de iu, kies du fratoj mortis dum la sieăo, kaj la aliaj bábanoj ankaů estis mortigitaj de la ekzekutisto. La kapoj de la viktimoj estis plenigitaj per pajlo, kaj, portanta kun si tiujn ői timigajn trofeojn pri sia bravegeco, kune kun őirkaů kvardek aů kvindek bábanaj virinoj kaj unu tre juna infano kiel kaptitoj, la triumfa armeo reiris al Šľíráz. Ilia eniro en tiun urbon fariăis okazo de ăenerala ăojo; la kaptitoj estis paradmarĕigitaj tra la stratoj kaj bazaroj kaj fine kondukitaj antaů princo Fírúz Mírzáon, kiu estis festanta en somera domo nomita Kiláh-i-Farangí. En lia őeesto Mihr-`Alí Ňľán, Mírzá Na'ím, kaj la aliaj oficiroj rakontis la detalojn pri sia venko, kaj ricevis gratulojn kaj bonfarojn. La kaptitinoj estis fine malliberigitaj en malnova karavana loăejo ekster la pordego Iṣfáhán. Kian traktadon ili travivis pere de siaj kaptintoj, tion oni lasas al nia konjekto." ("historio de Vojaăanto", Noto H, p.190.) "Tiu tago estis festotago, rakontas vidinto. La loăantoj disvastiăis en la apudajn kampojn, kunportante siajn manăojn, kaj multaj inter ili ĕtele trinkis plenajn botelojn da vino. La aero resonegis per muziko, kantoj de muzikistinoj, krioj kaj ridoj de publikulinoj. La bazaro estis flagornamita, eksonegis őie. Subite fariăis ega silento. La homoj estis ŕus ekvidintaj 32 kamelojn, őiu ĕarăita de malfeliőa malliberulo, virino aů infano ĕnurligita, kaj ŕetita transverse de la selo, kiel pako. Őie őirkaůe estis soldatoj portantaj longajn lancojn, sur kies pintojn estis surfiksitaj la kapoj de la bábanoj mortigitaj en Nayríz. La malbelegeco de la vidaŕo forte konsternis la ĕanăeman loăantaron de Šľíráz, kaj őiu reiris hejmen malăoje. La terura karavano transiris la bazarojn kaj fine atingis la palacon de la gubeniestro. Ői tiu troviăis en sia ăardeno kaj estis kunveniginta en sian dometon alnomitan Kuláh-i-Farangí őiujn, kiun Šľíráz konsideris kiel riőulojn kaj eminentulojn. La muziko őesis, la dancantoj haltis, kaj Muḥammad-`Alí Ňľán, kiel ankaů Mírzá Na'ím, du malgrandaj őefoj tribaj, kiuj partoprenis la militiron, venis rakonti pri siaj heroaŕoj, kaj nomi la malliberulojn unuope." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.407.)

[505] "Ĕajnas, ho ve! Ke őiom el tiu verĕita sango sufiőus kvietigi la malamikecon kaj la akiremon de la hmahometanoj. Tute ne. Mírzá Zaynu'l-`Ábidín Ňľán, sentante, ke li estas minacita de deziro venăi tiujn homojn, kiujn li trompis kaj venkis, ne permesis interpacon nek ripozon al la postvivantoj de la sekto. Lia malamikeco estis senlima kaj ăi daůris dumvive. Estis efektive la mizeruloj, kiujn oni sendis al Šľíráz, la riőulojn oni detenis. Zaynu'l-`Ábidín Ňľán konfidis ilin al persono, kiu estis ordonita promenigi ilin bastonate tra la urbo. Tiutempe oni amuziăis en Nayríz. Oni pendigis bábanojn per kvar najloj, kaj őiu venis satiăi je la angoro de la turmentagataj malfeliőuloj, oni metis brulantajn kanojn sub iliajn ungojn, oni prulstampis ilin, oni senigis ilin je akvo kaj pano, oni faris truon tra iliajn nazojn, oni traigis ĕnureton kaj oni promenigis ilin tiamaniere kiel ursojn." (ibid., p.408.)

[506] "áqá Siyyid Ja'far-i-Yazdí vidis la ekzekutistojn bruligi lian turbanon, poste ili promenigis lin de pordo al pordo petantan monon de la mastroj." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.408.)

[507] "áqá Siyyid Abú-ṭálib, kiu estis riőegulo, estis katenigita, sendita de la guberniestro de Nayríz al Ma'dan kaj tie venenigita de ḥájí Mírzá Náṣir, tiu sama, kiu en Šľíráz ordonis al Báb, ke Li kisu la manon de Saykh Abú-Turáb. Du bábaninoj, prefere ol iăi malliberulinoj, ŕetis sin en putojn kaj mortigis sin. Kelkaj bábanoj, dezirante venăi sin kontraů Mírzá Zaynu'l-`Ábidín Ňľán, direktis sin al ṭihrán por plendi al Lia Moěto pri la kruelegaŕoj faritaj. Ili vojaăis ăis la dua aů tria etapo antaů atingi la őefurbon kaj estis ripozantaj pro vojaălaciăo, kiam preteriris karavano el Šľíráz, kiu rekonis ilin, arestis őiujn krom certa Zaynu'l-`Ábidín, kiu fine sukcesis atingi ṭihránon. Oni kindukis la aliajn al Šľíráz, kie la princo tuj ekzekutigis ilin. Tie mortis Kárbilá'í `Abu'l-ḥasan, fajencisto, áqá Šľayňľ ḥádí, onklo de la edzino de Vaḥíd, Mírzá `Alí kaj Abu'l-Qásim-ibn-ḥájí Zayná, Akbar-ibn-i-`Ábid, Mírzá ḥasan kaj lia frato Mírzá Bábá." (ibid., pp.408-9.)

[508] 29. Junio, 1850 p.Kr.

restaĵoj de tiu disigita anaro sentis al sia kaptita ĉefo, aknoraŭ restis nemalfortigita. Malgraŭ la teruregigaj perdoj, kiujn ili suferis, nenio ankoraŭ sukcesis subfosi tiun lojalecon aŭ ekdetrui tiun kredon. Tiu spirito, tute ne estingita, flamis pli intense kaj pli dezertige, ol iam. Ĉagrenitaj de la memoro pri la indignindaĵoj, kiujn ili suferis, tiu persekutata anaro firmtenis eĉ pli pasie al sia Kredo kaj espereme atendis pliig antajn fervoron kaj esperon de sia ĉefo.[509] Super ĉio, Tiu, kiu ekbruligis tiun flamon kaj nutris tiun spiriton, ankotaŭ vivis, kaj malgraŭ sia izoleco, povis pleje uzi sian influon. Eĉ sendorma atentado estis senpova haltigi la tajdon, kiu ekkaptis la tutan landon, kaj kiu havis kiel sian movan forton la daŭran ekziston de Báb. Estingu tiun lumon, ŝtopu la fluon eĉ ĉe ĝia fonto, kaj sekiĝus la torento, kiu alportis tiom da ruinigo post si. Tia estis la penso, kiu influis la Grandan Veziron de ŝaho Náṣiri'd-Dín. Mortigi Lin ŝajnis al tiu malsaĝa ministro la plej efika rimedo por la reeliĝo de lia lando el la honto, en kiun, ŝajnis al li, ĝi eniĝis.[510]

Ekagante, li alvokis siajn konsilantojn, konfidis al ili siajn timojn kaj siajn esperojn, kaj konigis al ili la karakteron de siaj planoj. „Jen", li ekkriis, „la ŝtormo, kiun la Kredo de Siyyid-i-Báb estigis en la koroj de miaj samlandanoj! Laŭ mia opinio, nenio malpli, ol Lia publika ekzekuto povus ebligi al ĉi tiu konfuzita lando retrovi siajn trankvilecon kaj pacon. Kiu kuraĝus kalkuli la militistaron, kiu pereis dum la bataloj ĉe Shaykh ṭabarsí? Kiu povas taksi la penojn uzitajn por certigi tiun triumfon? Tuj kiam la malbono, kiu konvulsiis Mázindaránon, estis subpremita, flamoj de alia ribelo ekbrulis en la provinco Fárs portantaj post si multan suferon al mia popolo. Ni ĵus sukcesis kvietigi la ribelon, kiu ruinigis la sudon, kiam alia ribelo ekiĝas en la nordo, forblovanta en sia vortico Zanjánon kaj ĝian ĉirkaŭaĵon. Se vi povas konsili rimedon, sciigu ĝin al mi, ĉar mia sola celo estas certigi la pacon kaj honoron de miaj samlandanoj."

Nenia voĉo kuraĝis respondon, kron tiu de Mírzá Áqá Khán-i-Núrí, la Ministro Milita, kiu pledis, ke mortigi ekzilitan siyyidon pro la faroj de aro da nerespondecaj agitistoj estus ago evidente kruela. Li rememorigis la ekzemplon de la mortinta ŝaho Muḥammad, kies konstanta kutimo estis ignori la malnoblajn kalumniojn, kiujn la malamikoj de tiu siyyid daŭre atentigis al li. La Amír-Niẓám multe koleris. "Tiaj konsideroj," li protestis, "estas tute neaplikeblaj al la temo antaŭ ni. La interesoj de la Ŝtato estas en danĝero, kaj ni povas nenial toleri tiujn ĉi periodajn tumultojn. Ĉu ne la Imám ḥusayn, pro la superega neceso protekti la unuecon de la Ŝtato, estis ekzekutita de tiuj samaj personoj, kiuj vidis lin pli ol unufoje ricevi signojn de escepta korinklino de Mahometo, lia Avo? Ĉu ili ne rifuzis en tiaj cirkonstancoj konsideri la rajtojn, kiujn lia deveno donis al li? Nenio malpli, ol la rimedo, kiun mi rekomendas, povos elradiki tiun ĉi malbonon kaj porti al ni la pacon, al kiu ni sopiras."

Ignorante la konsilon de sia konsilanto, la Amír-Niẓám sendis siajn ordonojn al Navváb ḥamzih Mírzá, guberniestro de Ádhirbáyján, kiu estis konata inter la reĝosangaj princoj pro siaj bonkoreco kaj honesta konduto, ke li alvoku Bábon al Tabríz.[511] Li atente ne malkaŝis al la princo sian veran celon. La Navváb, supozante, ke la intenco de la ministro estis ebligi al sia  Kaptito reiri hejmen, tuj ordonis al unu el siaj fidindaj oficiroj, kune kun rajdista eskorto, iri al Chihríq, kie Báb ankoraŭ restis malliberigita, kaj rekonduki Lin al Tabríz. Li rekomendis Lin al ilia prizorgo, instigante ilin montri al Li plejan konsideron.

Kvardek tagojn antaŭ la alveno de tiu oficiro al Chihríq, Báb kolektis ĉiujn dokumentojn kaj Tabuletojn en sia posedo kaj, metinte ilin en kofron kun sia plumujo, siaj sigeloj kaj agataj ringoj, konfidis ilin al la prizorgo de Mullá Báqir, unu el la Literoj de la Vivanto. Al li Li ankaŭ transdonis leteron adresitan al Mírzá Aḥmad, Lia diktaskribisto, en kiun Li

---

[509] „Oni tre bone sciis, ke troviăas bábanoj őie. Persujo estis plena de ili, kaj se la spiritoj maltrankviligitaj pri transcendaj aferoj, se la filozofoj serőesplorantaj novajn formulojn, se la ofenditaj animoj mallogitaj per la maljustecoj kaj malfortecoj de la nuna tempo, nur estus avide dediőintaj sin al la ideo kaj promesoj de nova mondordo pli kontentiga, oni prave pensus, ke la malkvietemaj imagoj agemaj, eő koste de malfeliőego, ke la spiritoj bravaj kaj batalemaj, kaj fine, ke la maltimaj ambiciuloj facile emus ŕeti sin en vicojn, kiuj montris sin tiel plenaj de soldatoj taŭgaj por formi bravegajn rotojn. Mírzá Taqí Ňľán, malbenante la indulgon, per kiu lia antaŭulo, ḥájí Mírzá Áqásí, lasis naskiăi kaj plivastiăi tiel grandan danăeron, komprenis, ke ne devus őí tiu eraro daŭrigi, kaj volis elradiki la malbonon. Li konvinkiăis, ke ăia fonto estas Báb mem, unua aŭtoro de őiuj tiuj doktrinoj, kiuj maltrankviligis la landon, kaj li volis malaperigi tiun őí fonton." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.210-211.)

[510] "Dume, ḥájí Mírzá Taqí decidis frapi la kapon de la monstro Bábismo, kaj li konvinkiăis, ke, post tia frapo, kiu forpelus la Instiginton de la maltrankvilo el la sceno kaj haltigus Lian agadon, őio rekomencus sian naturan vojon. Tamen – kio estis afero sufiőe rimarkinda en azia registari, kaj precipe őe granda politikisto, kia estis Mírzá Taqí Ňľán, kiu povis severege malindulgi senhezite – tiu ministro unue ne ordonis la morton de la Novigemulo. Li opiniis, ke la plej bona rimedo detrui Lin estus malbonfamigi Lin. Elirigi Lin el Lia rifuăejo en Čľihríq, kie glorlumo de suferado, de sankteco, de sciado, de elokventeco, brilis őirkaŭ Li kiel suno; montri al la homoj, kia estas Li, tio estas, kia oni imagis Lin esti; detrui Lian prestiăon, tiuj rimedoj estis la plej bonaj por senigi Lin de malutileco. Efektive, li opiniis Lin esti aőa őarlatano, timema revemulo, kiu ne havus kuraăon kompreni, des malpli direkti la riskoplenajn entreprenojn de siaj tri apostoloj, aŭ eő partopreni ilin. Tia hono, kondukita al ţihrán kaj starigita antaŭ la plej lertajn dialektikistojn de Islamo, povus nur cedi hontinde, kaj Lia influo forflugus pli bone, ol se, foriginte la korpon, oni lasus ankoraŭ resti en la spiritoj la fantomon de supereco, kiun la morto igus nerefutebla. Oni do planis arestigi Lin, venigi Lin al ţihrán, kaj survoje elmeti Lin publike, katenigitan, humiligitan; igi Lin diskuti őie kun la Mulláoj, silentigi Lin, kiam Li fariăus trokuraăa; per unu vorto, instigi al Li serion da malegalaj bataloj, en kiuj Li estus neeviteble venkita, őar Li estus antaŭe senkuraăitita per tiom da rimedoj taŭgaj por venki Lian kuraăon. Estis leono, kiun oni volis senenergiigi, katenigi, kaj senungigi kaj sendentigi, poste transdoni al la hundoj, por ke ili montru, kiom el ili povus facile venki Lin. Jam venkite, malmulte gravus, kion oni decidus fari al Li. Ne mankis al tiu plano komprenpovo; sed ăi baziăis sur supozoj, kies principoj tute ne estis pruvitaj. Ne estis sufiőe imagi Bábon senkuraăan kaj senfirman; estis necese, ke Li efektive estu tia. Nu, la sintenado de tiu Emenentulo en la fortikaĵo Čľihríq ne evidentigis tiujn signojn. Li preăis kaj laboris senőese. Lia mildeco estis konstanta. Tiuj, kiuj alproksimiăis al Li, spertis malgraŭ si la allogan influon de Lia vizaăo, de Lia mieno, de Lia parolmaniero. La soldatoj, kiuj gardis Lin, ne estis ěirmitaj kontraŭ tiu malforteco. La morto aperis al Li proksima. Li ofte parolis pri ăi kiel pri ideo, kiu estis ne nur konata al Li, sed plaőa. Supozu, ke, kondukate tiamaniere tute tra Persujo, Li ankoraŭ ne falus? Supozu, ke Li ne montrus sin aroganta nek timema, sed multe pli alta, ol sia nuna sorto? Supozu, ke Li konfuzus la klerulojn, la lertulojn, la elokventulojn amasigitajn kontraŭ Li? Supozu, ke pli ol iam restus Báb por siaj malnovaj sekvantoj, kaj fariăus tio por la indiferentuloj aŭ eő por siaj malamikoj? Sendube oni riskis multe por gajni multe, sed ankaŭ por perdi multe; kaj, bone pripensinte la aferon, oni ne kuraăis entrepreni tiun őí riskon." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.211-13.)

[511] "La őefministro, ordonante al Sulaymán Ňľán, la Afšľár, komisiis al li porti al Tabríz, al princo ḥamzih Mírzá, guberniestro de Áďľirbáyján, la ordonon elirigi Bábon el Čľihríq kaj konduki Lin en la cetadelon de Tabríz, kie őí tiu sciiăus poste, kion Li faru." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.213.)

metis la ŝlosilon de tiu kofro. Li instigis lin pleje prizorgi tiun konfiditaĵon, emfazis la sanktecon de ĝia karaktero, kaj ordonis al li kaŝi ĝiajn enhavaĵojn de ĉiu krom Mírzá Aḥmad.

Mullá Báqir tuj iris al Qazvín. Post dekok tagoj li atingis tiun urbeton kaj infromiĝis, ke Mírzá Aḥmad foriris al Qum. Li tuj foriris tien kaj alvenis ĉirkaŭ la mezo de la monato Shá`bán.[512] Mi estis tiam en Qum, kune kun certa Ṣádiq-i-Tabrízí, kiun Mírzá Aḥmad sendis por venigi min el Zarand. Mi loĝis en la sama domo kun Mírzá Aḥmad, domo, kiun li luis en la kvartalo Bágh-Panbih. En tiuj tagoj Shaykh `Aẓím, Siyyid Ismá`íl, kaj aro da aliaj kunuloj ankaŭ loĝadis kun ni. Mullá Báqir transdonis la konfiditaĵon al Mírzá Aḥmad, kiu, ĉe insisto de Shaykh `Aẓím, malfermis ĝin antaŭ ni. Ni miris, kiam ni vidis inter la aĵoj, kiujn tiu kofro enhavis, rulaĵon el blua papero de plej delikata tekskvalito, sur kiu Báb en sia propra ĉarma manskribo, kiu estis delikata manskribaĵo shikastiha, skribis la formon de kvinpinta stelo, kiu enhavis ĉirkaŭ kvincent versojn, ĉiuj konsistantaj el derivaĵoj el la vorto "Bahá".[513] Tiu rulaĵo estis perfekte konservita, absolute pura, kaj donis la impreson unuavide, ke ĝi estas presita anstataŭ skribita folio. Tiel delikata kaj malsimpla estis la skribmaniero, ke, rigardate de malproksime, la skribaĵo ŝajnis kiel unuopa inkaĵo sur la papero. Ni estis subigitaj de admiro dum ni rigardadis ĉefverkon, kiun, laŭ nia opinio, neniu kaligrafo povus egali. Tiu rulaĵo estis reenmetita en la kofron kaj redonita al Mírzá Aḥmad, kiu, en la sama tago, kiam li ricevis ĝin, iris al Ṭihrán. Antaŭ ol li foriris, li informis nin, ke ĉio, kion li povis malkaŝi el tiu letero, estis ordono, ke la konfiditaĵo estu transdonita al Jináb-i-Bahá en Ṭihrán.[514] Rilate al mi, mi estis ordonita de Mírzá Aḥmad iri al Zarand kaj kuniĝi kun mia patro, kiu maltrankvile atendis mian revenon.

Fidela al la instrukcioj, kiujn li ricevis de Navváb Ḥamzih Mírzá, tiu oficiro kondukis Bábon al Tabríz kaj montris al Li plejajn respekton kaj konsideron. La princo instrukciis al unu el siaj amikoj gastigi Lin en sia hejmo kaj trakti Lin kun ega respekto. Tri tagojn post la alveno de Báb, nova ordono venis de la Granda Veziro ordonanta al la princo okazigi la ekzekuton de sia Malliberulo en la sama tago, kiam la farmán[515] atingus lin. Kiu ajn deklarus sin esti Lia sekvanto estu same kondamnita la la morto. La armena regimento de Urúmíyyih, kies kolonelo estis Sám Khán, estis ordonita pafmortigi Lin en la korto de la kazerno de Tabríz, kiu estis kokita en la mezo de la urbo.

La princo esprimis sian konsternon al la portinto de la farmán, Mírzá Ḥasan Khán, la Vazír-Niẓám kaj frato de la Granda Veziro. "La Amír," li diris al li, "estus pli bone farinta, se li komisius al mi servojn de pli granda merito, ol tiu, kiun li ĵus komisiis al mi. La tasko, kiun oni ordonas al mi plenumi, estas tasko, kiun nur malnoblaj personoj akceptus. Mi estas nek Ibn-i-Síyád nek Ibn-i-Sa`d,[516] ke li ordonu al mi mortigi senkulpan idon de la Profeto de Dio." Mírzá Ḥasan Khán raportis tiujn ĉi vortojn de la princo al sia frato, kiu tiam ordonis al li plenumi mem senprokraste kaj entute la enstrukciojn, kiujn li jam donis. "Liberigu nin", la Veziro instigis al sia frato, "de ĉi tiu maltrankvilo, kiu ŝarĝigas niajn korojn, kaj finiĝu ĉi tiu afero, antaŭ ol la monato Ramaḍán komenciĝos, por ke ni komencu la fastperiodon kun kvieta trankvilo." Mírzá Ḥasan Khán provis sciigi al la princo tiujn ĉi novajn instrukciojn, sed malsukcesis en siaj penoj, ĉar la princo, pretekstante malsanon, rifuzis renkonti lin. Nedeturnite de ĉi tiu rifuzo, li eldonis siajn instrukciojn por tuja translokigo de Báb kaj ĉiuj kun Li el la domo, en kiu Li estis gastanta, en unu el la ĉambroj de la kazerno. Plie, li ordonis al Sám Khán sendi dek el siaj soldatoj por gardi la enirejon de la ĉambro, en kiu Li estis malliberigota.

Senigita je siaj turbano kaj zonaĵo, la duopaj emblemoj de sia nobla deveno, Báb, kune kun Siyyid Ḥusayn, sia diktaskribisto, estis pelita al ankoraŭ alia malliberiĝo, kiu Li bone sciis estis nur plua paŝo sur la vojo kondukanta Lin al la celo, kiun Li deziris atingi. Tiu tago vidis grandegan tumulton en la urbo Tabríz. La granda konvulsio, kiun en siaj mensoj la loĝantoj rilatis al la Juĝotago, ŝajnis fine esti atinginta ilin. Neniam tiu urbo travivis tumulton tiel furiozan kaj tiel misteran, kiel tiu, kiu kaptis ĝiajn loĝantojn en la tago, kiam Báb estis kondukita al tiu loko, kiu estis destinita fariĝi la sceno de Lia martiriĝo. Dum Li alproksimiĝis al la korto de la kazerno, subite elsaltis junulo, kiu, en sia avido kuratingi Lin, perfortis sian vojon tra la homamaso, tute ignorante la riskojn kaj danĝerojn, kiujn tia provo supozigus. Lia vizaĝo estis malgrasega, liaj piedoj estis nudaj, kaj lia haroj malordigitaj. Senspira pro ekscito kaj tutlacigita, li ĵetis sin ĉe la piedojn de Báb kaj, ekprenante la borderon de Lia vesto, pasie petegis Lin: "Ne forsendu min de Vi, ho Majstro, Kien ajn Vi iros, permesu al mi sekvi Vin." "Muḥammad-`Alí," respondis Báb, "leviĝu, kaj estu certa, ke vi estos kun Mi.[517] Morgaŭ vi vidos tion, kion Dio dekretis." Du aliaj kunuloj, senpovaj deteni sin, alkuregis kaj certigis Lin pri sia neŝanĝebla lojaleco. Ĉi tiuj, kune kun Mírzá Muḥammad-`Alí-i-Zunúzí, estis kaptitaj kaj kondukitaj en la saman karceron, en kiu Báb kaj Siyyid Ḥusayn estis malliberigitaj.

Mi aŭdis Siyyid Ḥusaynon atesti la jenon: "Tiun nokton la vizaĝo de Báb brilis pro ĝojo, tia ĝojo, kiu neniam brilis el Lia vizaĵo. Indiferenta al la ŝtormo, kiu furiozis ĉirkaŭ Li, Li konversaciis kun ni kun egga gajeco. La malĝojoj, kiuj tiel peze ŝarĝigis Lin, ŝajnis tute malaperintaj. Ŝajnis, ke ilia ŝarĝo dissolviĝis en konscio pri alproksimiĝanta triumfo.

---

[512] 12. Junio-11. Julio, 1850 p.Kr.

[513] Laŭ "Historio de Vojaĝanto", (p.42), Báb prezentis ne malpli ol tricent kaj sesdek derivaĵojn el la vorto "Baha".

[514] Titolo, laŭ kiu Bahá'u'lláh estis titolita en tiuj tagoj.

[515] Vidu la Glosaron.

[516] Persekutantoj de la idoj de Mahometo.

[517] "Estas sendube stranga koincido, ke `Alí-Muḥammad kaj Jesuo Kristo ambaŭ laŭdire aldiris la jenajn vortojn al disĉiplo: 'Hodiaŭ vi estos kun mi en Paradizo.'" ("La Akordiĝo inter Gendoj kaj Religioj", de d-ro T.K. Cheyne, p.185.)

‘Morgaŭ,’ Li diris al ni, ‘estos la tago de Mia martiriĝo. Ke unu el vi povus leviĝi nun kaj propramane mortigi Min. Mi preferas esti mortigita de la mano de amiko, ol de tiu de la malamiko.’ Larmoj fluis el niaj okuloj dum ni aŭdis Lin esprimi tiun deziron. Tamen, ni detiris nin de la penso forpreni propramane tiel altvaloran vivon. Ni rifuzis, kaj restis silentaj. Mírzá Muḥammad-`Alí subite stariĝis kaj anoncis sin preta obei tion, kion ajn Báb dezirus. ‘Ĉi tiu sama junulo, kiu leviĝis cedi al Mia deziro,’ Báb deklaris, tuj kiam ni intervenis kaj devigis lin forlasi tiun penson, ‘kune kun Mi suferos martiriĝon. Lin Mi elektos partopreni kun Mi ĝian kronon.’”

Frumatene, Mírzá ḥasan Khán ordonis al sia farrásh-báshí[518] konduki Bábon en la ĉeeston de la ĉefaj mujtahidoj de la urbo kaj akiri de ili la rajtigon necesan por Lia ekzekuto.[519] Dum Báb estis forlasanta la kazernon, Siyyid ḥusayn petis al Li, kion li faru. „Ne konfesu vian kredon,“ Li konsilis al li. „Per tio, kiam la horo venos, vi povos komuniki al tiuj, kiuj estos destinitaj aŭdi vin, la aferojn, kiujn nur vi scias.” Li estis konfidence konversacianta kun li, kiam la farrásh-báshí subite interrompis kaj, tenante Siyyid ḥusaynon per la mani, flankentiris lin kaj severe riproĉis lin. “Ĝis kiam Mi ne estos dirinta al li ĉion, kion Mi deziras diri,” Báb avertis al la farrásh-báshí, “ĝis tiam nenia surtera forto povos silentigi Min. Kvankam la tuta mondo estu armita kontraŭ Mi, tamen ili estos senpovaj malebligi al Mi plenumi ĝis la lasta vorto Mian intencon.” La farrásh-báshí miris pri tiel sentima aserto. Tamen, li ne respondis, kaj ordonis al Siyyid ḥusayn leviĝi kaj sekvi lin.

Kiam Mírzá Muḥammad-`Alí estis enkondukita en la ĉeeston de la mujtahidoj, oni ripetite instigis al li, pro la posteno okupata de sia duonpatro, Siyyid `Alíy-i-Zunúzí, ke li malkonfesu sian kredon. „Neniam,“ li ekkriis, „mi malkonfesos mian Majstron. Li estas la esenco de mia kredo kaj la celo de mia plej vera adorado. En Li mi trovis mian paradizon, kaj en obeado al Lia leĝo mi ekkonas la rifuĝejon de mia saviteco.” “Silentu!” tondris Mullá Muḥammad-i-Mámáqání, antaŭ kiun tiu junulo estis kondukita. “Tiaj vortoj malkovras vian frenezon; mi povas bone pardoni la vortojn, pri kiuj vi ne respondecas.“ „Mi ne estas freneza,“ li rediris. „Tia akuzo estu prefere deklarita kontraŭ vi, kiu mortkondamnis viron ne malpli sanktan, ol la promesita Qá’im. Ne estas malsaĝulo tiu, kiu akceptis Lian Kredon kaj sopiras verŝi sian sangon sur Lia vojo.”

Báb estis siavice kondukita antaŭ Mullá Muḥammad-i-Mámáqaníon. Tuj kiam li rekonis Lin, li ekprenis la mortordonon, kiun li mem skribis antaŭe, kaj transdonante ĝin al sia deĵoranto, ordonis al li transdoni ĝin al la farrásh-báshí. “Ne estas necese,” li kriis, “alkonduki Siyyid-i-Bábon en mian ĉeeston. Tiun ĉi mortordonon mi skribis en la sama tago, kiam mi renkontis lin ĉe la kunveno prezidita de la Valí-`Ahd. Li certe estas la sama viro, kiun mi vidis tiuokaze, kaj dume li ne cedis iajn el siaj pretendoj.”

El tie Báb estis kondukita al la domo de Mírzá Báqir, filo de Mírzá Aḥmad, kies posteulo li ĵus fariĝis. Kiam ili alvenis ili trovis lian deĵoranton starantan ĉe la pordo kaj tenantan en sia mano la mortordonon pri Báb. “Ne estas necese eniri,” li diris al ili. “Mia majstro jam kontentiĝis, ke lia patro pravis en tio, ke li ordonis la mortkondamnon. Li ne povas fari pli bone, ol sekvi lian ekzemplon.”

Mullá Murtaḍá-Qulí, sekvante la ekzemplon de la aliaj du mujtahidoj, jam antaŭe eldonis sian propran skribitan ateston kaj rifuzis renkonti persone sian timegigan kontraŭulon. Tuj kiam la farrásh-báshí akiris la necesajn dokumentojn, li transkondukis sian Kaptiton al Sám Khán, certigante lin, ke nun, ĉar li havigis la sankcion de la civilaj kaj eklezaj aŭtoritatuloj, li povos ekplenumi sian taskon.

Siyyid ḥusayn restis malliberigita en la sama ĉambro, en kiu li pasigis la antaŭan nokton kun Báb. Ili estis kondukonta Mírzá Muḥammad-`Alíon en tiun saman ĉambron, kiam li eklarmis kaj petegis ilin permesi al li resti kun sia Majstro. Li estis transkondukita al Sám Khán, kiu estis ordonita ekzekuti lin ankaŭ, se li persistos en sia rifuzo nei sian kredon.

Sám Khán dume trovis sin pli kaj pli kortuŝita pro la konduto de sia Kaptito kaj la traktado montrita la Li. Li ektimegis, ke lia ago portos sur lin la koleregon de Dio. „Mi konfesas la kristanan kredon,“ li klarigis al Báb, „kaj sentas nenian malbonvolon kontraŭ vi. Se via Afero estas Afero de Vero, ebligu al mi liberiĝi el la devo verŝi vian sangon.” “Plenumu viajn instrukciojn,” Báb respondis, “kaj se via intenco estas sincera, la Plejpotenculo certe povos senŝarĝigi vin de via konfuzo.”

Sám Khán ordonis al siaj soldatoj marteli najlon en la kolonon, kiu estis inter la pordo de la ĉambro okupita de Siyyid ḥusayn kaj la enirejo al la apuda ĉambro, kaj alligi du ŝnurojn al tiu najlo, de kiuj Báb kaj Lia kunulo estis aparte

---

[518] Vidu la Glosaron.

[519] “En la sekvinta tago, frumatene, kiam la servantoj de ḥamzih Mírzá malfermis la pordojn de la malliberejo, oni elirigis Bábon kaj Liajn du disőiplojn. Oni certiăis, ke la katenoj őirkaů liaj kolo kaj manoj estas fortikaj. Plie, oni ligis al őies kolkateno longan ěnuron, kiun farrášľ tenis; tiam, por ke őiu povu bone vidi kaj rekoni ilin, oni promenigis ilin tiamaniere tra la urbo, en őiuj stratoj kaj en őiuj bazaroj, superěutante ilin per insultoj kaj batoj. La homamaso plenigis la vojon kaj oni suriris sur la ěultrojn unu de la alia por konsideri plej bone la viron, pri kiu oni tiel multe parolis. La bábanoj, la duonbábanoj, disvastiăinte őien, penis eksciti en kelkaj rigardantoj iom da kompato aů alian senton, kiun ili povus profiti por savi sian Majstron. La indiferentuloj, la filozofoj, la šľayňľanoj, la ṣúfanoj, deturnis sin se la procesio kun tedego kaj reiris hejmen, aů kontraůe, atendante Lin őe stratanguloj, rigardadis Lin nur kun silenta scivolo. La vulgarularo őifonvestita, tumultema, impresiăema, laůtkriis malăentilegaŕojn al la tri martiroj; sed ili estis tute pretaj ěanăi la opinion se nur unu cirkonstanco ia ajn instigus iliajn spiritojn en alian direkton. Fine, la mahometanoj, regantoj de la tago, persekutis per insultegoj la malliberulojn, provis disigi la eskorton por frapi ilian vizaăon aů kapon, kaj kiam oni ne repuěis ilin ăustatempe, aů botelpeceto ŕetita de iu infano trafis Bábon aů unu el Liaj kunuloj vizaăe, la eskorto kaj la homamaso ekridegis.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.220.)

pendigotaj.[520] Mírzá Muḥammad-`Alí petegis al Sám Khán, ke li estu lokita tiamaniere, ke lia propra korpo ŝirmu tiun de Báb.[521] Li estis fine pendigita tiamaniere, ke lia kapo ripozis sur la brusto de lia Majstro. Tuj kiam ili estis ligitaj, regimento da soldatoj aranĝis sin en tri vicojn, ĉiu konsistanta el ducent kaj kvindek viroj, ĉiu el kiu estis ordonita ekpafi siavice ĝis la tuta taĉmento estos pafinta la salvon de siaj kugloj.[522] La fumo de la pafado de la sepcent kaj kvindek kanelpafiloj estis tia, ke ĝi mallumigis la lumon de la tagmeza suno. Amasiĝis sur la tegmenton de la kazerno, kiel ankaŭ sur la suprojn de la apudaj domoj, ĉirkaŭ dekmil personoj, kiuj vidis ĉiuj tiun malfeliĉan kaj kortuŝan vidaĵon.

Tuj kiam la fumnubo foriĝis, miregigita popolamaso estis rigardanta scenon, kiun iliaj okuloj apenaŭ povis kredi. Tie, staranta antaŭ ili vivanta kaj nevundita, estis la kunulo de Báb, dum Li mem estis malaperinta nedifektita de ilia vido. Kvankam la ŝnuroj per kiuj ili estis pendigitaj, estis pecetŝiritaj de la kugloj, tamen iliaj korpoj mirakle evitis la salvojn.[523] Eĉ la tuniko portata de Mírzá Muḥammad-`Alí, malgraŭ la fumdenseco, restis nemakulita. “Siyyid-i-Báb foriris de antaŭ ni!” sonoris la voĉoj de la konfuzita popolamaso. Ili freneze ekserĉis Lin, kaj trovis Lin fine sidantan en la sama ĉambro, kiun Li okupis en la antaŭa nokto, finantan sian interrompitan konversacion kun Siyyid ḥusayn. Esprimo de kvieta trankvilo estis sur Lia vizaĝo. Lia korpo elvenis sendifekta el la falo de kugloj, kiujn la regimento direktis kontraŭ Li. “Mi finis mian konversacion kun Siyyid ḥusayn,” Báb diris al la farrásh-báshí. “Nun vi povas ekplenumi vian intencon.” La viro estis tro multe agitita por rekomenci tion, kion li jam provis. Rifuzante plenumi sian devon, li forlasis en tiu momento tiun lokon kaj eksiĝis el sia posteno. Li rakontis ĉion, kion li vidis, al sia najbaro, Mírzá Siyyid Muḥsin, unu el la konatuloj de Tabríz, kiu, tuj kiam li aŭdis la historion, konvertiĝis al la Kredo.

Estis mia privilegio renkonti poste tiun ĉi saman Mírzá Siyyid Muḥsinon, kiu kundukis min al la sceno de la martirigo de Báb, kaj montris al mi la muron, kie Li estis pendigita. Mi estis kondukita al la ĉambro, en kiu oni trovis Lin konversaciantan kun Siyyid ḥusayn, kaj estis montrita al mi tiu sama loko, kie Li sidis. Mi vidis eĉ la najlon, kiun Liaj malamikoj martelis en la muron, kaj al kiu estis ligita la ŝnuro, kiu subtenis Lian korpon.

Sám Khán estis ankaŭ miregigita de la forto de ĉi tiu grandega revelacio. Li ordonis al siaj soldatoj tuj forlasi la kazernon, kaj rifuzis iam denove kunmiksi sin kaj sian regimenton kun ago, kiu supozigus eĉ malplejan malutilon al Báb. Li ĵuris, dum li forlasis tiun korton, neniam denove rekomenci tiun taskon, eĉ se lia rifuzo okazigus lian propran morton.

Tuj kiam Sám Khán foriris, Áqá Ján Khán-i-Khamsih, kolonelo de la korpogardistaro, konata ankaŭ laŭ la nomoj Khamsih kaj Náṣirí, sinproponis plenumi la rodonon por ekzekuto. Sur la saman muron kaj sammaniere Báb kaj Lia kunulo estis denove pendigitaj, dum la regimento viciĝis por ekpafi sur ilin. Kontraŭe al la antaŭa okazo, kiam estis pafŝirita nur la ŝnuro, per kiu ili estis pendigitaj, tiun ĉi fojon iliaj korpoj estis frakasitaj kaj intermiksitaj en unu mason de miksitaj karno kaj ostoj.[524] „Se vi kredus je Mi, ho kaprica generacio,“ estis la lastaj vortoj de Báb al la rigardanta popolamaso dum la regimento estis pretiĝanta pafi la finan salvon, “ĉiu el vi sekvus la ekzemplon de ĉi tiu junulo, kiu rangis super la plejmulto el vi, kaj volonte oferus sin sur Mia vojo. La tago venos, kiam vi ekkonos Min; en tiu tago Mi ne estos plu kun vi.”[525]

---

[520] “Báb silentadis; Lia pala kaj bela vizaĝo enkadrigita de nigra barbo kaj mallongaj lipharoj, Liaj konduto kaj manieroj distingiĝaj, Liaj blankaj kaj delikataj manoj, Liaj senornamaj sed ege puraj vestoj, fine ĉio pri Li vekis simpation kaj kompaton.” (Ĵurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.378.)

[521] “Provo pri la sindono kaj konstanteco de ĉi tiu noblulo estas montrita en letero en lia propra sankta manskribo, kiun posedis lia frato Mullá `Abdu’lláh, kiu ankoraŭ loĝas en Tabríz. Tiun ĉi leteron li skribis el la malliberejo tri tagojn aŭ du tagojn antaŭ sia martiriĝo, responde al sia frato, kiu skribis al li konsilante lin deturni sin de siaj sindono kaj sklaveco; kaj en tio li faras sian apologion. Kaj ĉar la martiro estis la malpliaĝa el la du fratoj, pro tio li uzas respekteman stilon en sia letero. La teksto de ĉi tiu responda letero estas jena: ‘Li estas la Kompatema! Ho mia Qiblih! Dank’ al Dio, mi ne grumblas pri miaj cirkonstancoj, kaj ‘post ĉiu laboro venas ripozo’. Rilate al tio, kion vi skribis, ke ĉi tiu afero ne havas finon, kiu afero do havas finon? Almenaŭ ni ne malkontentiĝas en tio; ni ja estas senpovaj sufiĉe esprimi nian dankemon pro ĉi tiu beno. Pleje ni povas nur esti mortigitaj pro Dio, kaj ho, kia feliĉo tio estus! La volo de la Sinjoro devas esti plenumita pere de Liaj servantoj, nek prudento povas deturni sorton antaŭdifinitan. Kon Dio volas, tio okazas: estas nenia forto krom en Dio. Ho mia Qiblih! La fino de la monda vivo estas morto. “Ĉiu animo spertos la morton.” Se la difinita destino, kiun la Sinjoro (potenca kaj glora estas Li) dekretis, atingus min, Dio do estas la gardanto de mia familio, kaj vi estas mia kuratoro; agu laŭ maniero, kiu akordiĝos kun la bonplaĉo de Dio. Pardonu ian mankon en respekto aŭ devo ŝuldata al pliaĝa frato, pri kiu mi eble estas kulpa, petu pardonon por mi de ĉiuj el mia domanaro, kaj konfidu min al Dio. Al Dio mi apartenas, kaj kiel bona gardanto Li estas!’” (La “Táriňľ-i-Jadíd”, pp.301-3.)

[522] “Kiam oni pafmortigas en Persujo, la kondamnitoj estas ligitaj al fosto dorse al la rigardantoj kaj tiamaniere, ke ili ne povas vidi la komandosignojn.” (Ĵurnalo Azia, 1866, volumo 7, p.377.)

[523] “Ega tumulto eliĝis el la homamaso en tiu momento. La rigardantoj ekvidis Bábon, liberigitan de Liaj ligilij, alproksimiĝantan libera al ili. Mirinda hazardo tiel faris, ke neniu kuglo trafis la kondamniton; kontraŭe, Liaj katenoj estis rompitaj, Li estis liberigita. Estis vera miraklo, kaj Dio scias, kio estus okazinta sen la fideleco kaj aplombo, kiujn la kristana regimento montris en tiu okazo. La soldatoj, por trankviligi la tumulton de la ekscitiginta homamaso preta kredi je la vereco de religio, kiu tiamaniere faris siajn pruvojn, montris al ili la ŝnurojn ŝiritajn de la kugloj, videbla signo de vaneco de miraklo. Samtempe oni ekkaptis Bábon kaj ligis Lin denove al la fatala fosto... Tiun ĉi fojon la ekzekuto estis bona; la mahometana justeco jak la laŭkanona leĝo pravigis sin. Sed la homamaso, ege impresita de la vidaĵo antaŭ si, iom post iom fordisiĝis malrapide, ne konvinkita, ke Báb estis krimulo. Ĉiuokaze, Lia kulpo estis kulpo nur por la leĝistoj, kaj la mondo pardonas krimojn, kiujn ĝi ne komprenas.” (“La Religio de Báb”, de M.C. Huart, pp.3-4.) “Tiam okazis stranga fariĝo, unika en la historio de la homaro... La kugloj disŝiris la ŝnurojn, kiuj tenis Bábon, ĉi tiu refalis sur siajn piedojn sen gratvundeto.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, p.375.) “Per eksterordinara hazardo, la kugloj tuŝis nur la ŝnurojn, kiuj katenigis Bábon; ili ŝiriĝis kaj Li sentis sin libera. Bruo, laŭtkrioj resonegis ĉiuflanke, sed neniu komprenis unue, pro kio maltrankviliĝas.” (ibid., p.379.)

[524] Laŭ “Historio de Vojaĝanto” (p.45), “la brustoj (de la viktimoj) estis kribritaj, kaj iliaj membroj estis tute sekciitaj, krom iliaj vizaĝoj, kiuj estis apenaŭ difektitaj.”

[525] “Laŭdoj estu al Dio, kiu malkaŝis la Punkton (Báb) kaj igis, ke devenu de tie la scio de ĉio, kio estis kaj estos... Li estas tiu Punkto, kiun Dio faris Oceano de Lumo al la kredantoj inter siaj servantoj, kaj Fajrobulo al la neantoj inter siaj kreitaĵoj kaj la malpiuloj inter sia popolo.” (La “Išľráqát”, de Bahá’u’lláh, p.3.) “En sia signifoklarigo de la litero ‘Há’, Li sopiris martirecon, dirante: ‘Ŝajnas al Mi, ke Mi aŭdis voĉon

En la sama momento, kiam la pafoj estis pafitaj, ventego escepte severa ekiĝis kaj blovigis super la tuta urbo. Turnovento polva de nekredebla denseco malheligis la lumon de la suno kaj blindigis la okulojn

de la homoj. La tuta urbo restis ĉirkaŭita en tiu mallumo de tagmezo ĝis nokto. Eĉ tiel stranga fenomeno, sekvante tuj post tiu ankoraŭ pli miregiga malsukceso de la regimento de Sám Khán malutili Bábon, estis senpova kortuŝi la korojn de la homoj de Tabríz, kaj inklinigi ilin paŭzi kaj pripensi la signifon de tiel gravegaj okazintaĵoj. Ili vidis la efikon, kiun tiel mirinda okazaĵo efikis sur Sám Khán; ili vidis la konsternon de la farrásh-báshí kaj vidis lin fari sian nerevokeblan decidon; ili povis eĉ detale ririgardi tiun tunikon, kiu, malgraŭ la pafo de tiel multaj kugloj, restis tuta kaj nemakulita; ili povis legi en la vizaĝo de Báb, kiu elvenis nevundita el tiu ŝtormo, esprimon de trankvila kvieto dum Li rekomencis sian konversacion kun Siyyid Ḥusayn; kaj tamen neniu el ili klopodis demandi pri la signifo de ĉi tiuj nekutimaj signoj kaj mirindaĵoj.

La martirigo de Báb okazis dimanĉe, la dudek okan de Sha`bán, en la jaro 1266 p.H.,[526] tridek unu lunaj jaroj, sep monatoj, kaj dudek sep tagoj de la tago de Lia naskiĝo en Shíráz.

En la vespero de tiu sama tago, la ŝirvundegitaj korpoj de Báb jak Lia kunulo estis translokigitaj el la korto de la kazerno al la bordo de la ĉirkaŭfosaĵo ekster la urbopordego. Kvar rotoj, ĉiu konsistanta el dek gardostarantoj, estis

---

vokantan en Mi plej interne: "Oferu tion, kion Vi plej multe amas, sur la vojo de Dio, same kiel Ḥusayn, paco estu al li, oferis sian vivon pro Mi." Kaj se Mi ne estus atentema pri ĉi tiu neevitebla mistero, je Tiu, en kies mano estas Mia animo, eĉ se ĉiuj reĝoj de la tero kunligiĝus, ili estus senpovaj preni de Mi eĉ unuopan literon; liel do povus malpli fari tiaj servantoj, kiaj estas ĉi tiuj, kiuj meritas nenian atenton, kaj kiuj vere estas inter la elpelitoj? Por ke ĉiuj sciu la gradon de Mia pacienco, Miaj rezignado kaj sinofero sur la vojo de Dio.'" (Idem. La "Kitáb-i-Íqán", p.195.) "Báb, la Plejaltulo, ĉies vivo estu ofero al Li, specife revelaciis Epistolon al la ulemoj de ĉiu urbo, en kiu Li plene klarigis la karakteron de la neado kaj malkonfeso de ĉiu el ili. Sekve bone atentu, vi, kiuj estas homoj de sagaceco!" (ibid. p.193.) "Ĉi tiu Eminentulo leviĝis kun tia potenco, ke Li skuis la subtenilon de la religio, de la moraloj, la ŝtatoj, la kutimoj, kaj la moroj de Persujo, kaj starigis novajn regulojn, novajn leĝojn, kaj novan religion. Kvankam la grandaj eminentuloj de la Ŝtato, preskaŭ ĉiuj ekleziuloj, kaj la publikuloj, leviĝis pro detrui kaj ekstermi Lin, tamen Li sola rezistis ilin, kaj kortuŝis la tutan Persujon... Li donis Dian edukadon al neklera popolamaso kaj aperigis mirindajn rezultojn sur la pensojn, moralojn, kutimojn, kaj kondiĉojn de la persoj." ("Kelkaj Reesponditaj Demandoj", de `Abdu'l-Bahá, pp.30-31.) "La kristanoj efektive estas konvinkiĝintaj, ke, se Jesuo Kristo volus malsupreniri vivanta de la kruco, Li povus fari tion facile. Li mortis memvole, ĉar Li devis morti kaj por plenumi la antaŭdiron. Estas same pri Báb, diras la bábanoj, kiuj intencas doni ankaŭ sankcion evidentan al siaj vortoj. Li ankaŭ mortis memvole, ĉar Lia morto devus savi la homaron. Kiu iam diros la vortojn, kiujn Báb povis elparoli meze de la senekzempla tumulto, kiu salutis Lian foriron? Kiu scios, kiaj memoroj agitis Lian belan animon, kaj kiu iam diros al ni la sekreton de Lia morto?... La vido de hontigindaĵo, de indignindaĵoj, de malvirtoj, de la mensogo de tiu ekleziularo, indignegigis Lian animon puran kaj sinceran. Li sentis la neceson enkonduki profundan reformacion en la morojn publikajn, kaj devis kelkafoje heziti antaŭ perspektivo de la revolucio, kiun Li devus ellasi por liberigi la korpojn kaj la intelektojn el sub la jugo de stultegiĝo kaj senbrideco, kiu surpremis la tutan Persujon por plej granda profito de aro da plezuremulaĉoj kaj por plej granda honto de la vera religio de la Profeto. Lia sendecideco verŝajne estis granda, Liaj angoroj teruraj, kaj mankis al Li la rtiobla bronzo, pri kiu parolis Horace, pro ĵeti sin blind en la oceanon de superstiĉoj kaj malamoj, kiu devis fatale engluti Lin. Estas unu el la plej noble malavaraj ekzemploj de kuraĝo, kiun Li donis al la homaro por medite rigardadi, kaj estas ankaŭ admirinda pruvo de amo, kiun nia Heroo portis al siaj samlandanoj. Li oferis sin pro la homaro. Pro ĝi Li donis sian korpon kaj sian animon, pro ĝi Li suferis mankojn, publikajn insultegojn, ofendaĵojn, turmenton, kaj martirecon. Li sigelis per sia sango la interkonsenton de universala frateco, kaj kiel faris Jesuo, tiel ankaŭ Li pagis per sia vivo por la anonco de la regno de harmonio plenakorda, de simpla justeco kaj frateca amo. Pli ol ĉiuj aliaj Li sciis, kiajn timegindajn danĝerojn Li amasigis sur sian kapon, Li povis taksi mem la koleregon, kiun fanatikeco bone ekscitita povas atingi. Sed ĉiuj pripensoj, kiujn Li povis fari pri tiu temo, ne estis sufiĉe fortaj por deturni Lin de la vojo, sur kiu Li de nun decidis iri. Timo havis nenian influon sur Lia animo, kaj trankvila, ne deziranta rigardi malantaŭen, kvieta, plene posedanta ĉiujn siajn povojn, Li eniris en la fajregon." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, pp.203-4, 376.) "La ĉefo de la nova religio mortis, kaj laŭ la kalkulado de Mírzá Taqí Ňl'án, la ĉefministro, plej profunda paco reiĝos en la spiritojn kaj ne estos plu maltrankvilo, almenaŭ el tiu flanko. Sed tiun ĉi fojon politika saĝeco estis riproĉinda, kaj anstataŭ estingi la brulegon, oni kontraŭe ekscitis senbridecon." "Post momento oni vidos, kiam mi detale ririgardos la religiajn dogmojn predikitajn de Báb, ke la vivdaŭreco de la sekto tute ne dependis de Lia ĉeesto. Ĉio povis funkcii kaj plivastiĝi sen Li. Se la ĉefministro estus havinta konon pri tiu fundamenta punkto de la malamika religio, estas eble, ke li ne estus tiel penema malaperigi homon, kies ekzisto finfine de tiam ne gravus pli, ol Lia morto." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.224, 225.) "Tia profeto," skribas la sinjoro pastro d-ro T.K. Cheyne, "estis Báb; ni nomas lin 'profeto' pro manko de pli bona nomo; 'Ja, Mi diras al vi, profeto, kaj pli ol profeto.' Lia kombino de mildeco kaj potenco estas tiel maloftega, ke ni devas vicigi lin kun supernormalaj viroj... Ni sciiĝas, ke, ĉe grandaj punktoj en lia kariero, post ekztazo, tia brileco de potenco kaj majesto fluis el lia vizaĝo, ke neniu povis rigardi la brilegecon de liaj gloro kaj belo. Nek estis eĉ por nekredantoj malofta okazaĵo nevole kliniĝi en humila riverenco ekvidinte Lian Sanktecon; dum la domanoj de la kastelo, kvankam plejparte kristanoj kaj sunnanoj, tamen respektege sternis sin, kiam ajn ili vidis la vizaĝon de Lia Sankteco. Tia belegiĝo estas bone konata al la sanktuloj. Ĝi estis konsiderita kiel alfikso de la ĉiela sigelo al la realeco kaj pleneco de la sindediĉo de Báb." ("La Akordiĝo inter Gentoj kaj Religioj", pp.8-9.) "Kiu povas ne esti allogita de la milda spirito de Mírzá `Alí-Muḥammad? Lia malĝoja kaj persekutita vivo; lia ĉasta konduto, kaj juneco; liaj kuraĝo kaj neplendema pacienco dum malbonsorto; lia plena memneado; malklara idealo de pli bona stato de aferoj, kiun oni povas travidi tra la malklaraj kaj mistikaj eldiroj de la Bayán; sed pli ol ĉio, lia tragedia morto, ĉio servas por varbi niajn simpatiojn por la juna Profeto de Šľíráz. La nekontraŭstarebla ĉarmo, kiu gajnis por li tian sindonon dum lia vivo, ankoraŭ vivadas, kaj ankoraŭ daŭras influi la mensojn de la persaj homoj." (art de E.G. Browne, ĵurnalo de la R.A.S., 1889, p.933.) "Malmultaj opinias, ke per ĉi tiuj sangaj rimedoj la doktrinoj de Báb ĉesos plimultiĝi. Estas spirito de ŝanĝo inter la persoj, kiu konservos lian sistemon de estingo; krom kio, liaj doktrinoj havas allogan karakteron al la persoj. Kvankam nun subigita, kaj devigita embuski kaŝita en urbetoj, estas konjektite, ke la kredo de Báb, tute ne malpliiĝanta, ĉiutage disvastiĝas." ("Ekvidoj pri la Vivmaniero kaj Moroj en Persujo", de Lady Sheil, p.181.) "La historio de Báb, kiel Mírzá `Alí-Muḥammad nomis sin, estis historio de spirita heroeco nesuperita en la travivaĵoj de Svabhava; kaj lia propra aventurema animo estis flamigita de ĝi. Ke junulo de nenia socia influo kaj nenia edukado, per simpla potenco de envidpovo, povus penetri en la koron de aferoj kaj vidi la veran veron, kaj tiam tenadi ĝin kun tiel firma konvinkiĝo kaj prezenti al ĝi tian influon, ke li povis konvinki la homojn, ke li estas la Mesio, kaj igi ilin sekvi lin eĉ ĝis la morto, estis unu el tiuj bonegaj faktoj en homa historio, pri kiuj Svabhava ŝategas mediti... Oni ne povis dubi la pasian sincerecon de Báb, ĉar li donis sian vivon pro sia kredo. Kaj ke devas esti io en lia revelacio, kiu estis alloga al la homoj kaj satigis iliajn animojn, atestas la fakto, ke miloj donis siajn vivojn pro lia kredo kaj milionoj nun sekvas lin. Se junulo, per la sincereco de sia celo kaj la allogeco de sia personeco, povus dum nur ses jaroj da servado tiel inspiri riĉulojn kaj malriĉulojn, klerulojn kaj malklerulojn egale per tia kredo je li kaj liaj doktrinoj, ke ili restis fidelaj kvankam ĉasserĉitaj kaj sen juĝado kondamnitaj al morto, dissegitaj, stangolitaj, pafmortigitaj, pafitaj el pafiloj; kaj se viroj de alta rango kaj kulturo en persujo, Turkujo kaj Egiptujo grandnombre ĝis hodiaŭ firmtenas liajn doktrinojn; lia vivo devas esti unu el tiuj okazintaĵoj dum la pasintaj cent jaroj, kiuj vere indas studadon. ("La Eklumeto", de Sir Francis Younghusband, pp.183-4.) "Tiel, dum nur lia trideka jaro, en la jaro 1850, finiĝis la heroa kariero de vera Dihomo. Pri la sincereco de lia konvinkiĝo, ke li estis Diinspirita, la maniero de lia morto estas kiel eble plej sufiĉa prubo. Kredante, ke li per tio savus aliajn de la eraro de iliaj nunaj kredoj, li volonte oferis sian vivon. Kaj pri lia potenco alligi homojn al si, la pasia sindono de centoj kaj eĉ miloj da personoj, kiuj donis siajn vivojn pro lia afero, estas konvinka atestado." (ibid., p.210.) "Báb mortis, sed ne Bábismo. Li ne estis la unua, kaj ankoraŭ malpli la lasta, el longa vico de martiroj, kiuj atestis, ke, eĉ en lando gangrenita de korupto kaj atrofiita de indiferenteco, kiel estas Persujo, la animo de nacio postvivas, eble senvoĉa, kaj ja iom senhelpa, sed ankoraŭ kapabla pri neatenditaj spasmoj de vivoforto." ("La Mezorienta Problemo", de Valentine Chirol, p.120.)

[526] 9. Julio, 1850 p.Kr.

ordonitaj laŭvice gardi ilin. En la mateno post la tago de martireco, la rusa konsulo en Tabríz, akompanata de artisto, iris al tiu loko kaj ordonis, ke skizi estu farita de la kadavroj dum ili kuŝis apud la ĉirkaŭfosaĵo.[527]

Mi aŭdis ḥájí `Alí-`Askaron rakonti la jenon: "Oficisto de la rusa konsulejo, parenco mia, montris al mi tiun saman skizon eĉ en la tago, kiam ĝi estis desegnita. Estis tiel bonega portreto de Báb, kiun mi rigardis! Nenia kuglo trafis Lian frunton, Liajn vangojn, aŭ Liajn lipojn. Mi rigardadis rideton, kiu ŝajne ankoraŭ restadis sur Lia vizaĝo Tamen, Lia korpo estis ege vundecigita. Mi povis rekoni la brakojn kaj kapon de Lia kunulo, kiu ŝajne ĉirkaŭbrakis Lin. Dum mi rigardadis teruregite tiun neforgeseblan bildon, kaj vidis, kiel tiuj noblaj trajtoj estis difektitaj, mia koro premiĝis en mi. Mi deturnis mian vizaĝon angore kaj, reatinginte mian domon, enŝlosis min en mia ĉambro. Dum tri tagoj kaj tri noktoj mi povis nek dormi nek manĝi, tiel premita mi estis de emocio. Tiu mallonga kaj tumulta vivo, kun ĉiuj ĝiaj malĝojoj, ĝiaj tumultoj, ĝiaj ekziloj, kaj fine la timegiga martireco, per kiu ĝi estis kronita, ŝajnis esti reludata denove antaŭ miaj okuloj. Mi maldormis sur mia lito, tordiĝante angore kaj doloregо."

En la posttagmezo de la dua tago post la martiriĝo de Báb, ḥájí Sulaymán Khán, filo de Yaḥyá Khán, alvenis al Bagh-Mishih, antaŭurbo de Tabríz, kaj estis akceptita en la domon de la Kalantar,[528] unu el siaj amikoj kaj intimuloj, kiu estis dervîŝo kaj apartenis al la sufana komunumo. Tuj kiam li informiĝis pri la baldaŭa danĝero, kiu minacis la vivon de Báb, ḥájí Sulaymán Khán forlasis ṭihránon kun la celo efektivigi Lian liberigon. Je sia konsterno li alvenis tro malfrue por plenumi sian intencon. Tuj kiam lia gastiganto informis lin pri la cirkonstancoj, kiuj antaŭis la areston kaj kondamnon de Báb, kaj rakontis al li la okazintaĵojn de Lia martiriĝo, li tuj decidis forporti la kadavrojn de la viktimoj, eĉ je la risko endanĝeri sian propran vivon. La Kalantar konsilis al li atendi kaj sekvi lian sugeston, prefere ol malkaŝi sin al tio, kio ŝajnis al li esti neevitebla morto. Li instigis al li translokiĝi sian loĝadejon al alia domo kaj atendi la alvenon en tiu vespero de certa ḥájí Alláh-Yár, kiu, li diris, volonte plenumus tion, kion ajn li dezirus, ke li faru. Je la difinita horo ḥájí Sulaymán Khán renkontis ḥájí Alláh-Yáron, kiu, en tiu sama noktomezo, sukcesis porti la kadavrojn de la bordo de la ĉirkaŭfosaĵo al la silkfabrikejo posedata de unu el la kredantoj de Mílán; metis ilin en la proksima tago en speciale konstruitan skatolon lignan, kaj translokigis ilin, laŭ la instrukcioj de ḥájí Sulaymán Khán, al sekura loko. Dume la gardostarantoj penis senkulpigi sin pere de preteksto, ke, dum ili dormis, sovaĝaj bestoj forportis la kadavrojn.[529] Iliaj superuloj siaparte, nevolaj kompromiti sian propran honoron, kaŝis la veron kaj ne malsekretigis ĝin al la aŭtoritatuloj.[530]

ḥájí Sulaymán Khán tuj raportis la aferon al Bahá'u'lláh, kiu estis tiam en ṭihrán, kaj kiu instrukciis al Áqáy-i-Kalím sendi specialan senditon al Tabríz por translokigi la kadavrojn al la ĉefurbo. Ĉi tiu decido estis instigita de la deziro, kiun Báb mem esprimis en la "Zíyárat-i-Sháh-`Abdu'l-`Aẓím", Tabuleto, kiun Li revelaciis estante en la ĉirkaŭaĵo de tiu sanktejo, kaj kiun Li transdonis al certa Mírzá Sulaymán-i-Khaṭíb, al kiu Li instrukciis iri kun aro da kredantoj al tiu loko kaj psalmokanti ĝin interne de ĝiaj limoj.[531] "Estas bone al vi", Báb alparolis la enterigitan sanktulon en ĉi tiuj vortoj, en la finaj versoj de tiu Tabuleto, "ke vi trovis vian ripozejon en Rayy, sub la ombro de Mia Amato. Ke Mi estu entombigita interne de la limoj de tiu sankta tero!"

Mi mem estis en ṭihrán kun Mírzá Aḥmad, kiam la kadavroj de Báb kaj Lia kunulo alvenis. Bahá'u'lláh dume foriris al Karbilá, sekve de la instrukcioj de la Amír-Niẓám. Áqáy-i-Kalím, kune kun Mírzá Aḥmad, translokigis tiujn kadavrojn

---

[527] "'La imperiestro de Rusujo,' li (ḥájí Mírzá Jání) diris, 'sendis komunikon al la rusa konsulo en Tabriz, ordonante al li plene esplori kaj raporti la cirkonstancojn de Lia Sankteco Báb. Tuj kiam ői tiu novaŕo alvenis, ili, t.e. la persaj aŭtoritatuloj, mortigis Bábon. La rusa konsulo alvokis al si áqá Siyyid Muḥammad-ḥusaynon, diktaskribisto de Báb, kiu estis malliberigita en Tabríz, kaj demandis pri la signoj kaj cirkonstancoj de Lia Sankteco. Pro tio, ke őeestis mahometanoj, áqá Siyyid ḥusayn ne kuraăis paroli malkaĕe pri sia Majstro, sed prosperis al li pere de aludoj kumuniki diversajn aferojn, kaj ankaů donis al li (la rusa konsulo) certajn el la verkoj de Báb.' Ke ői tiu deklaro estas almenaů parte vera, estas pruvite de la atestado de Dorn, kiu, priskribante manuskripton pri unu el la 'Komentarioj pri la Nomoj de Dio' de Báb (kiun li titolas Qur'án de Bábí'), diras, sur p. 248 de vol.8 de la Bulletin de l' Académie Impériale de Sciences de St. Pétersbourg, ke ăi estis ricevita rekte de la propra sekretario de Báb, kiu, dum sia malliberiăo en Tabríz, transdonis ăin al eůropanoj.'" (La "Táriňľ-i-Jadíd", pp.395-6.)

[528] Vidu la Glosaron.

[529] "Sekvante antaůmemoran kutimon en la Oriento, kutimo observita dum la sieăo de Béthulie same kiel őirkaů la tombo de nia Sinjoro, gardostaranto estas soldato, kiu dormas ăis sate apud la posteno, kiun li estas komisiita gardi." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.166.) "Oni pobis vidi dum ői tiu historio, kiaj estas la persaj gardostarantoj. Iliaj funkcioj estas esence dormi apud la depoto, kiun ili devas gardi." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.378.)

[530] "S-ro de Gobineau, konsentante pri tio kun la aůtoroj de la Násiňľu't-Taváríňľ, de la Rawđatu's-ṣafá, de la Mir'átu'l-Buldán, per unu vorto kun őiuj oficialaj historiistoj, raportis, ke, post la ekzekuto, la kadavro de Báb estis ŕetita en la limfosaŕon de la urbo kaj manăegita de la hundoj. Efektive ne estis tiel, kaj ni vidos, kial tiu famo estis diskonigita tiom de la aůtoritatuloj de Tabríz malmulte dezirantaj okazigi la mallaůdojn de la registaro por komplezemo kare vendita, kiom de la bábanoj dezirantaj antaůmalhelpi tiamaniere la esploradon de la policio. La plej certaj atestoj de la rigardantoj mem de la dramo aů de la aktoroj lasas al mi nenian dubon, ke la kadavro de Siyyid `Alí-Muḥammad estis forportita de piaj manoj kaj fine, post la neatenditaŕoj, kiujn mi rakontis, ricevis entombigon indan je ăi" (Ibid., p.377.)

[531] "ṭihrán estas do eminentigita pro la maůzoleo kaj sanktejo de saho `Abdu'l-`Aýím. Ripozanta sub orumita kupulo, kies ekbriletojn mi vidis de malproksime rajdante al la urbo, la kadavro de ői tiu sanktulo onidire allogas őiujaran vizitadon de 300 mil personoj. Mi trovas, ke plej multaj verkistoj diskrete kaĕas sian nescion pri la identeco de la sanktulo per tio, ke ili priskribas lin kiel 'sanktan mahometanon, kies sanktejo estas multe vizitadata de la piaj ṭihrána noj.' Tamen, ĕajnas, ke longe antaů la alveno de Islamo, ői tio estis sankta loko kiel tombo de sinjorino de granda sankteco, rilate al kio oni povas rimarki, ke la sanktejo estas grandmezure patronata de virinoj. Ői tie, post la mahometana venko, estis enterigita Imám zádih ḥamzih, filo de la sepa Imám, Múṣá-Káýim; kaj tien ői, forkurante de la Ňľalíf Mutavakkil, venis sanktulo nomita `Abu'l-Qásim `Abdu'l-`Aýím, kiu vivis kaĕite en Rayy ăis sia morto en őirkaů 861 p.Kr. (Ői tio estas la rakonto prezentita de la persa Kitáb-i-Majlísí, citanta Šľayňľ Najášľi, kiu lasta citas el Barkí.) Poste lia eminenteco malheligis tiun de lia pli fama antaůulo. Sinsekvaj suverenoj, precipe tiuj de la reganta dinastio, plimultigis kaj plibeligis la konstruaŕaron starigitan super lia tombo, kies őiam-kreskanta populareco ekkreskigis sufiőe grandan vilaăon őirkaů la sanktigita loko. La moskeo estas lokita en la ebeno, őirkaů ses mejlojn sud-sudoriente de la őefurbo, tuj preter la ruinoj de Rayy, őe la ekstremaŕo de la montaro, kiu őirkaůas la ebenon de ṭihrán sudoriente." ("Persujo kaj la Persa Problemo", de Lord Curzon, pp. 345-7.)

el le Imám-Zádih-ḥasan,[532] kien oni unue portis ilin, al loko, kies situo restis nekonata al ĉiuj krom ili. Tiu loko restis sekreta ĝis la foriro de Bahá'u'lláh al Adrianopolo, kiam Áqáy-i-Kalím estis komisiita informi Muníron, unu el siaj kundisĉiploj, pri la efektiva situo, kien oni kuŝigis la kadavrojn. Malgraŭ sia serĉado li ne povis trovi ĝin. Ĝi estis poste trovita de Jamál, maljuna aliĝinto de la kredo, al kiu oni konfidis tiun sekreton dum Bahá'u'lláh ankoraŭ estis en Adrianopolo. Ĝis nun tiu loko estas nekonata al la kredantoj, nek iu povas konjekti, kien oni fine translokigos la kadavrojn.

La unua en ṭihrán, kiu aŭdis pri la cirkonstancoj rilatantaj tiun kruelan martirigon, post la Granda Veziro, estis Mírzá Áqá Khán-i-Núrí, kiu estis ekzilita al Káshán de ŝaho Muḥammad, kiam Báb travojaĝis tiun urbon. Li certigis al ḥájí Mírzá Jání, kiu konigis al li la instruojn de la Kredo, ke, se la amo sentata de li por la nova Revelacio igus lin regajni sian perditan postenon, li pleje penus efektivigi la bonstaton kaj sekurecon de la persekutata komunumo. ḥájí Mírzá Jání raportis la aferon al sia Majstro, kiu komisiis al li certigi la malaltigitan ministron, ke antaŭnelonge li estos vokita al ṭihrán kaj havigos de sia suvereno tian postenon, kia estos malsupera al neniu krom tiu de la ŝaho mem. Li estis avertita ne forgesi sian promeson kaj strebi plenumi sian intencon. Li estis ravita de tiu komuniko, kaj renovigis la certigon, kiun li donis.

Kiam la novaĵo pri la martiriĝo de Báb atingis lin, li jam estis plialtrangigita, ricevis la titolon I`timádu'd-Dawlih, kaj esperis esti altigita al la posteno de Granda Veziro. Li rapidis informi al Bahá'u'lláh, kiun li intime konis, pri la novaĵo, kiun li ricevis, esprimante la esperon, ke fine estingiĝis la fajro, pri kiu li timis, ke ĝi iam superŝutus Lin per nedirebla afliktego. "Tute ne", Bahá'u'lláh respondis. "Se ĉi tio estas vera, estu certigita, ke la flamo bruligita eĉ per ĉi tiu ago ekflamegos pli furioze, ol antaŭe, kaj kaŭzos tian bruligadon, ke la kunigita aro de la ŝtatistoj de ĉi tiu regno estos senpovaj ĝin estingi." Mírzá Áqá Khán estis destinita kompreni pli poste la signifon de ĉi tiuj vortoj. Apenaŭ imagis li, kiam tiu antaŭdiro estis eldirita, ke la Kredo, kiu ricevis tian skufrapon, povus postvivi sian Aŭtoron. Li mem estis foje resanigita de Bahá'u'lláh de malsano, el kiu li malesperis iam resaniĝi.

Liaa filo, la Nizámu'l-Mulk, unu tagon demandis al li, ĉu li ne opinias, ke Bahá'u'lláh, kiu el ĉiuj filoj de la mortinta Veziro montris sin la plej kapabla, ne sekvis la tradicion de sia patro sed malkontentigis la esperojn konfiditajn el Li. "Mia filo," li respondis, "ĉu vi vere kredas lin esti malinda filo de sia patro? Ĉio, kion iu ajn el ni povas esperi atingi, estas nur nedaŭra kaj necerta lojaleco, kiu malaperos, tuj kiam niaj tagoj finiĝos. Nia mortula vivo neniam povos esti libera de la sortoŝanĝoj, kiuj persekutas la vojon de surtera ambicio. Se ni eĉ sukcesos certigi dum nia vivodaŭro la honoron de nia nomo, kiu scias, ĉu post nia morto kalumnio ne makulos nian memoron kaj ruinigos la laboron, kiun ni plenumis? Eĉ tiuj, kiuj honorigas nin per siaj lipoj dum nia vivodaŭro, en siaj koroj kondamnus kaj malnobligs nin se ni eĉ nur momente ne antaŭenigus iliajn interesojn. Tamen, ne estas tiel rilate al Bahá'u'lláh. Malsame al la granduloj de la tero, kia ajn estu ilia gento aŭ rango, li estas celo de tiaj amo kaj sindono, kiajn la tempo ne povas malheligi nek la malamiko detrui. Lian suverenecon la ombroj de morto neniam povos malheligi nek la lango de la kalumnianto detrui. Tia estas la regado de lia influo, ke neniu inter liaj amantoj noktomeze kuraĝos elvoki memoron de plej malforta deziro, kiu povus esti eĉ malpriksimsence tradukita kiel kontraŭa al lia deziro. Tiaj amantoj ege plimultiĝos nombre. La amo, kiun ili sentas por li, neniam malpliiĝis, kaj estos transsendita de generacio al generacio, ĝis la mondo estos kovrita de ĝia gloro."

La malica persistado, per kiu sovaĝa malamiko penis malbone trakti kaj fine detrui la vivon de Báb, portis al Persujo kaj ĝiaj loĝantoj nedireblajn afliktegojn. La viroj, kiuj krimfaris tiujn ĉi kruelegaĵojn, viktimiĝis al mardetanta konsciencriproĉo, kaj en nekredeble mallonga tempo ili suferis senhonoran morton. Rilate al la plejmulto el ĝiaj loĝantoj, kiuj observadis kun malbonhumora indiferenteco la tragedion ludatan antaŭ si, kaj kiuj ne levis eĉ fingron en protesto kontraŭ la teruregeco de tiuj kruelaĵoj, ili siavice viktimiĝis al mizero, kiun ĉiuj rimedoj de la lando kaj la energio de ĝiaj ŝtatistoj estis senpovaj malpezigi. La vento de malbonsorto blovis furioze sur ilin kaj skuis ĝisfundamente ilian materian prosperon. Eĉ de la tago, kiam la mano de la atakanto eletendiĝis kontraŭ Báb, kaj penis doni sian finan baton al Lia Kredo, premego post premego subpremis la spiriton el tiu nedankema popolo, kaj kondukis ilin eĉ ĝis la rando de nacia bankroto. Pestoj, eĉ kies nomoj estis preskaŭ nekonataj al ili krom post rapida konsulto en la polvokovritaj libroj, kiujn malmultaj ŝatis legi, atakis ilin kun tia furiozo, ke neniu povis ĝin eviti. Tiu skurĝo dissemis dezertigon kien ajn ĝi disvastiĝis. Princo kaj kamparano egale sentis ĝian pikdoloron kaj kliniĝis antaŭ ĝia jugo. Ĝi tenis la vulgarularon en sia premteno, kaj rifuzis malseverigi sian tenadon sur ili. Pereiga kiel estis la febro, kiu pereigis la provincon Gílán, ĉi tiuj neatenditaj afliktoj daŭris forkonsumi la landon. Malĝojigaj kiel estis ĉi tiuj afliktegoj, la venĝema kolerego de Dio ne haltis ĉe la malfeliĉoj, kiuj okazis al obstinega kaj senkreda popolo. Ĝi sentigis sin en ĉiu vivanta estaĵo spiranta en tiu frapita lando. Ĝi tuŝis la vivon de kreskaĵoj kaj bestoj egale, kaj sentigis al la popolo la grandecon de ilia aflikto. Mankego aldonis siajn teruregojn al la miregiga ŝarĝo de afliktoj, sub kiu la popolo ĝemis. La malgrasega fantomo de malsato solenpaŝis inter ili, kaj antaŭvido de malrapida kaj doloriga morto vizitadis ilin. Popolo kaj registaro egale sopiris al la malŝarĝo, kiun ili povis nenie akiri. Ili eltrinkis la pokalon de mizero, tute neatentemaj pri la mano, kiu portis ĝin al iliaj lipoj, kaj pri la Persono, pro kiu ili devis suferi.

La unua, kiu leviĝis malbone agi kontraŭ Báb, estis neniu alia, ol ḥusayn Khán, guberniestro de Shíráz. Lia malhonora traktado de sia Kaptito kostis al li la vivojn de miloj komisiitaj al lia protektado, kiuj fermis la okulon pri liaj agoj. Lia

[532] Loka sanktejo en ṭihrán.

provinco estis ruinigita de pesto, kiu portis ĝin al la rando de detruo. Malriĉigita kaj ellacigita, Fárs malfortiĝis senhelpa sub ĝia ŝarĝo, vokante bonfaremon de siaj najbaroj kaj helpon de siaj amikoj. Ḥusayn Khán mem vidis amare la ruinigon de ĉiuj siaj laboroj, li estis kondamnita pasigi en nekonateco la restantajn tagojn de sia vivo, kaj li ŝanceliĝis al la morto, forlasita kaj forgesita egale de siaj amikoj kaj siaj malamikoj.

La dua, kiu penis disputi la Kredon de Báb kaj haltigi ĝian progreson, estis Ḥájí Mírzá Áqásí. Estis li, kiu, pro egoistaj celoj kaj por havigi la favoron de la malnoblaj ulemoj de sia tempo, intermetis sin inter Bábon kaj ŝahon Muḥammad kaj penis malebligi ilian renkontiĝon. Estis li, kiu proklamis la ekzilon de sia timegiga Kaptito al izola angulo de Ádhirbáyján kaj kun obstina atento gardis Lian izolecon. Estis li, kiu ricevis tiun denuncan Tabuleton, en kiu la Malliberulo antaŭsignis lian pereon kaj malkaŝis lian malbonegecon. Apenaŭ pasis jaro kaj ses monatoj post Báb atingis la ĉirkaŭaĵon de Ṭihrán, kiam la Dia venĝo ĵetegis lin de potenco kaj devigis lin serĉi ŝirmon interne de la malgloraj limoj de la sanktejo de Sháh-`Abdu'l-`Aẓím, kiel rifuĝinto de la kolerego de sia propra popolo. El tie la mano de la Venĝanto elpelis lin ekster la limojn de sia naskiĝlando, kaj enigis lin en oceanon da afliktoj ĝis li mortis en cirkonstancoj de mizerega malriĉeco kaj nedirebla aflikto.

Rilate al la regimento, kiu, malgraŭ la nekrarigebla malsukceso de Sám Khán kaj liaj soldatoj detrui la vivon de Báb, sinproponis renovigi tiun provon, kaj kiu fine kribis Lian korpon per siaj kugloj, ducent kaj kvindek el ĝiaj anoj, kune kun siaj oficiroj, mortis en tiu sama jaro dum terura tertremo. Dum ili estis ripozantaj en varmega somertago sub ombro de muro survoje inter Ardibíl kaj Tabríz, enprofundiĝinte en siaj ludoj kaj plezuroj, la tuta konstruaĵo subite renversiĝis kaj falis sur ilin, lasante eĉ nenian postvivanton. La restantaj kvincent suferis tiun saman sorton, kiun iliaj propraj manoj suferigis sur Bábon. Tri jarojn post Lia martiriĝo regimento ribelis, kaj ĝiaj anoj estis tuj poste senkompate pafmortigitaj laŭ ordono de Mírzá Ṣádiq Khán-i-Núrí. Ne kontenta pri unua salvo, li ordonis, ke dua estu pafita por certigi, ke neniu el la ribelantoj postvivu. Oni poste traboris iliajn kadavrojn per lancoj kaj lasis ilin malkaŝitaj antaŭ la loĝantoj de Tabríz. En tiu tago multaj el la urbanoj, rememorante la cirkonstancojn de la martiriĝo de Báb, miris pri tiu sama sorto, kiu trafis tiujn, kiuj mortigis Lin. "Ĉu hazarde povus esti la venĝo de Dio", oni aŭdis kelkajn flustri unu al la alia, "kiu kondukis la tutan regimenton al tiel malhonora kaj tragedia fino? Se tiu junulo estus mensogema trompanto, pro kio liaj persekutantoj estus tiel severe punitaj?" Ĉi tiuj esprimitaj duboj atingis la orelojn de la ĉefaj mujtahidoj de la urbo, kiuj, ege timkaptitaj, ordonis, ka ĉiuj, kiuj pripensas tiajn dubojn, estu severe punitaj. Kelkaj estis batitaj, aliaj estis monpunitaj, ĉiujj estis avertitaj ĉesi tiajn flustradojn, kiuj nur povus revivigi rememoron pri terura kontraŭulo kaj rebruligi entuziasmon por Lia Afero.

Antaŭ ol pasis du jaroj de tiu sovaĵa ago, la Amír-Niẓám, ĉefa instiganto de la fortoj, kiuj rapidigis la martiriĝon de Báb, kaj ankaŭ lia frato, la Vazír-Niẓám, lia ĉefa kunkulpulo, estis subigitaj al timiginda punu, kiu finiĝis mizere per ilia morto. La sango de la Amír-Niẓám eĉ ĝis hodiaŭ makulas la muron de la banejo de Fín,[533] atestaĵo pri la kruelegaĵoj, kiujn lia propra mano faris.[534]

## *Ĉapitro XXIV*
## *La Tumulto de Zanján*

La fajrero, kiu ekbruligis la grandajn brulegadojn de Mázindarán kaj Nayríz, jam flamigis Zanjánon kaj ĝian ĉirkaŭaĵon, kiam Báb mortis en Tabríz. Profunda kiel estis Lia malĝojo pri la ege malfeliĉa sorto, kiu trafis la heroojn de Shaykh Ṭabarsí, la novaĵo pri la ne malpli tragediaj suferadoj, kiuj estis la sorto de Vaḥíd kaj liaj kunuloj, venis kiel plua frapo al Lia koro jam subpremita de la ŝarĝo de multoblaj afliktoj. La konscio pri la danĝeroj, kiuj plidensiĝis ĉirkaŭ Li; la memoro pri la indignindaĵo, kiun Li elportis, kiam Li estis lastfoje kondukita al Tabríz, la trostreĉo de plilongigita kaj rigora mallibereco inter la montaj fortikaĵoj de Ádhirbáyján; la teruraj buĉadoj, kiuj signis la finajn gradojn de la tumultoj de Mázindarán kaj Nayríz; la perfortoj kontraŭ Lia Kredo faritaj de la persekutantoj de la Sep martiroj de Ṭihrán – eĉ ĉi tiuj ne estis ĉiuj afliktoj, kiuj nuboplenigis la restantajn tagojn de rapide forfluanta vivo. Li estis jam malfortigita de la severeco de ĉi tiuj frapoj, kiam la novaĵo pri la okazaĵoj en Zanján, kiuj tiam komencis antaŭsigni siajn malfeliĉajn rezultojn, atingis Lin kaj emis plenigi la angoron de Liaj lastaj tagoj. Kiajn ekdoloregojn Li evidente elportis dum la ombroj de morto estis rapide amasiĝantaj kirkaŭ Li! En ĉiu kampo, ĉu norde aŭ sude, la probatalantoj de

---

[533] "Estas vere," skribas Lord Curzon, "ke lia (de ĕaho Naṣíri'd-Dín) regado estis malbeligita de unu aů du agoj bedaůrinde perfortaj; la plej malbona inter kiuj estis la murdo de lia unua őefministro, Mírzá Taqí Ňľán, la Amír-Niýám... Bofrato de la ĕaho, kaj la unua regato en la reăolando, li estis responda al la venăemo de kortega intrigo kaj al la malice ekscitita ŕaluzo de sia junula suvereno pri tia malhonoro, pri kiu liaj malamikoj ne kontentiăis ăis ăi estis plenumita per la mortigo de ilia malaltigita sed ankoraů timeginda viktimo." ("Persujo kaj la Persa Problemo", vol.1, p.402.)

[534] "Őiu sciis, ke la bábanoj antaůdiris la baldaůan finon de la őefministro kaj anoncis lian mortomanieron. Laůdire tio okazis precize, kiel ăin anoncis la martiroj de Zanján, Mírzá Riđá, ḥájí Muḥammad-`Alí, kaj ḥájí Muḥsin. Al la ministro malaltigita kaj persekutita de reăa malamo, oni tranőis la vejnojn en la vilaăo Fín, proksime la Kášľán, same kiel li faris al siaj turmentmortigitoj. Lia posteulo estis Mírzá Áqá Ňľán-i-Núrí, de noble tribo de Mázindarán, kaj ăis tiam Ministro Milita. Tiu nova ricevinto de povo prenis sur sin la titolon ṣadr-i-A'ýam, kiun portas la grandaj veziroj de la turka imperio. Tio okazis en la jaro 1852." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobieneau, p.230.)

[535] Őefurbo de la distrikto Ňľamsíh. "Ňľamsíh estas malgranda provinco okcidente de Kaflán-Kúh, aů la monto de la Tigro, inter Irako kaj Áďľirbáyján. Ăia őefurbo, Zanján, bele lokita, estas őirkaůita de dentigita muro garnita de turoj, simile al őiuj persaj civitoj. Ăia loăantaro estas turkogenta, kaj krom de la registaraj dungitoj, la persa lingvo estas malmulte parolata tie. La őirkaůaŕo de la urbo estas plenega de vilaăoj, kiuj ne estas malriőaj; potencaj triboj vizitadas ilin precipe printempe kaj vintre. " (ibid., p.191.)

Lia Kredo estis subigitaj al nemeritataj suferadoj, estis malglore trompitaj, rabitaj de iliaj posedaĵoj, kaj kruelege buĉitaj. Kaj nun, kvazaŭ por plenigi Lian pokalon de mizeroj ĝis superfluo, ekiĝis la ŝtormo de Zanján, la plej perforta kaj dezertiga el ĉiuj.[536]Mi nun ekrakontos la cirkonstancojn, kiuj faris el tiu okazintaĵo unu el la plej ekscitaj epizodoj en la historio de ĉi tiu Revelacio. Ĝia ĉefo estis ḥujjat-i-Zanjání, kies nomo estis Mullá Muḥammad-`Alí,[537] unu el la plej kapablaj, kaj certe unu el la plej timigindaj probatalantoj de la Kredo. Lia patro, Mullá Raḥím-i-Zanjání, estis unu el la ĉefaj mujtahidoj de Zanján, kaj estis ege estimata pro sia pieco, siaj klereco kaj forta karaktero. Mullá Muḥammad-`Alí, alnomita ḥujjat, naskiĝis en la jaro 1227 p.H.[538] Eĉ de sia juneco li montris tian kapablecon, ke lia patro superŝutis per pleja zorgemo lian edukadon. Li sendis lin al Najaf, kie li distingiĝis per sia envidpovo, siaj kapablo kaj fajra ardo.[539] Liaj lernopovo kaj vigla inteligenteco ekscitis la admiron de liaj amikoj, dum lia malkaŝemeco kaj la forto de lia karaktero faris lin la teruro de liaj kontraŭuloj. Lia patro konsilis al li ne reveni al Zanján, kie liaj malamikoj estis konspirantaj kontraŭ li. Li do decidis ekloĝiĝi en Hamadánon,[540] kie li edziĝis kun unu el siaj parencinoj, kaj loĝadis tie dum ĉirkaŭ du jaroj kaj duono, kiam la novaĵo pri la morto de lia patro decidigis lin ekforiri al sia naskiĝurbeto. La ovacio montrita al li ĉe lia alveno flamigis la malamikecon de la ulemoj, kiuj, malgraŭ sia malkaŝe esprimata kontraŭeco, ricevis de li ĉiun signon de konsidero kaj bonkoreco.[541]

El la katedro de la masjid, kiun liaj amikoj konstruis je lia honoro, li instigis la grandegan homamason, kiu amasiĝis aŭdi lin, deteni sin de sinindulgo kaj uzi moderecon en ĉiuj siaj agoj.[542] Li senkompate subpremis ĉiun formon de insulto, kaj per sia ekzemplo kuraĝigis la homojn firmteni severe al la principoj admoninstruitaj de la Korano. Tiomaj estis la atento kaj kapablo, per kiuj li instruis siajn disĉiplojn, ke ili superis en sciado kaj kompreno la konatajn ulemojn de Zanján. Dum deksep jaroj li daŭrigis siajn laŭdindajn laboradojn kaj sukcesis purigi la animojn kaj korojn de siaj samurbanoj de ĉio, kio ŝajnis esti kontraŭ la spirito kaj instruoj de ilia Kredo.[543]

Kiam la Alvoko el Shíráz atingis lin, li sendis sian fidindan senditon, Mullá Iskandar, esplori la pretendojn de la nova Revelacio; kaj tia estis lia respondo al tiu Revelacio, ke liaj malamikoj estis instigitaj duobligi siajn atakojn kontraŭ li. Senpovaj ĝis nun malbonfamigi lin antaŭ la registaro kaj la popolo, ili nun provis denunci lin kiel probatalanton de herezo kaj malkonfesanton de ĉio sankta kaj amata en Islámo. "Lia reputacio por justeco, por pieco, saĝeco kaj klereco," ili flustris unu al la alia, "estis tia, ke estas neeble al ni malfortigi lian rangon. Alvokite al ṭihrán, en la ĉeesto de ŝaho Muḥammad, ĉu li ne povis per sia magneta elokventeco allogi lin al sia flanko kaj  fari lin unu el siaj sindonaj admirantoj? Tamen, nun, kiam li tiel malkaŝe probatalis la aferon de Siyyid-i-Báb, ni certe povos akiri de la registaro dekreton por lia aresto kaj elpelo el nia urbeto."

Ili do redaktis petskribon al ŝaho Muḥammad, en kiu ili provis, per ĉiu rimedo, kiun iliaj malicaj kaj ruzaj mensoj povis elpensi, senkreditigi lian nomon: "Dum li ankoraŭ konfesis esti sekvanto de nia Kredo," ili plendis, "helpe de siaj desĉiploj li povis malkonfesi nian aŭtoritaton. Nun, pro tio, ke li aliĝis al la afero de Siyyid-i-Báb kaj allogis al tiu malaminda kredo du trionojn de la loĝantoj de Zanján, kian malaltigon li ne infliktos sur nin! La aregon, kiu amasiĝas al liaj pordoj, la tuta masjid ne povas plu enteni. Tioma estas lia influo, ke la masjid, kiu apartenis al lia patro, kaj tiu

---

[536] "Nu en ői tiuj jaroj (o-H. 1266 kaj 1267) tute tra Persujo fajro falis sur la domojn de la bábanoj, kaj őiu el ili, en kiu ajn vilaăeto li okaze estis, őe malpleja ekiăinta suspekto estis glavmortigita, Pli ol kvar mil homoj estis mortigitaj, kaj multegaj virinoj kaj infanoj, lasitaj sen protektanto aů helpanto, distritaj kaj konfuzitaj, estis tretitaj kaj detruitaj." ("Historio de Vojaăanto", pp. 417-8.)

[537] "Troviăis en tiu urbo mujtahid, nomita Mullá Muḥammad-`Alíy-i-Zanjání. Li estis naskiăinto de Mázindarán kaj studis őe eminenta majstro ordenita per la titolo Šľarífu'l-`Ulamá. Muḥammad-`Alí dediőis sin precipe al dogma teologio kaj juroscienco; li akiris bonan reputacion. La mahometanoj certigas, ke dum li funkciis kiel mujtahid, li montris sin senripoza kaj malkvietema. Neniu temo ĕajnis al li sufiőe studita aů taůge solvita. Liaj plimultigitaj fatváoj senőese konfuzetis la konsciencon kaj la kutimojn de la kredantoj. Novecojn soifanta, li estis nek tolerema dum diskuto nek modera dum disputoj. Jen li plidaůrigis senrajte la faston Ramađán por motivoj neniam antaůe donitaj; jen li difinis la esprimadon de preăo laů maniero tute kontraůkutima. Li estis malafabla al pacemaj homoj, abomeninda je okuloj de rutinuloj. Tamen, oni konfesas ankaů, ke li kalkulis multajn partianojn, kiuj konsideris lin sanktulo, ĕatis lian fervoron, kaj ŕuris laů li. Por havigi al si ideon tute senpartian, oni povas vidi en li unu el tiuj multenombraj mahometanoj, kiuj vere tute ne estas tiakredaj, sed kiujn instigas tre grandampleksa kaj treege persista kredo profunda kaj fervoro religia, kies praktikadon la homoj serőas kun fervorego. Estis lia malfeliőo esti mujtahid kaj trovi, aů pliăustadire supozi, ke li trovis naturan uzon de siaj fortoj en la renversego de ideoj ricevitaj pri temoj, kiuj ne ebligas tiun ői maltrankvilon." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.191-2.)

[538] 1832-13 p.Kr.

[539] "Inter la ulemoj de la urbo troviăis eminentulo nomita Áňľúnd Mullá `Abdu'r-Raḥím, konata pro sia pieco. Li havis filon, kiu troviăis en Najaf kaj en Karbilá, kie li partoprenis la kurson de la eminenta Šľarífu'l-`Ulamáy-i-Mázindarání. Tiu junulo estis senripoza kaj sentis sin iom malpacienca pri la limoj de ĕiismo." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.332.)

[540] "Kiam li revenis ael la sanktaj lokoj li trapasis tra Hamadán, kie la loăantoj admirinde akceptis lin kaj humile petegis lin resti en ilia urbo." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas, p.336.)

[541] "Őiuj ulemoj de la urbo venis viziti lin kaj retiriăis maltrankviletaj pri kelkaj vortoj, kiujn li elparolis, kaj kiuj speciale signis pensmanieron malmulte kutiman. Efektive, la sintenado de la noveveninto baldaů alpruvis al tiuj piuloj, ke ili ne trompis sin pri siaj prijuăoj." (Ibid.)

[542] "ekzistis karavana loăejo en la epoko de ĕaho `Abbás, kiu iom post iom transformiăis en ṣířľih-ňľánihon. Por ne permesi la rompon de la ĕiana seksleăo, certa Mullá Dúst-Muḥammad ekloăiăis tien kaj benis la nedaůrajn unuiăojn inter la voroj venintaj de ekstere kaj la pagantaj gastinoj de la ejo. ḥujjatu'l-Islám – őar tio estis la titolo, kiun alprenis nia heroo – fermigis la domon, edzinigis la plimulton el la virinoj kaj sendis la aliajn servadi őe honorindaj familioj. Li ankaů skurăigis vinkomerciston nomitan Murád, kies domon li detruigis." (Ibid., pp.332-3.)

[543] "Sed tie ne limiăis lia agado. Őiam enprofundiăinte en problemoj kaůzitaj de religio bazita sur ḥádíoj preskaů őiam kontraůaj, li maltrankviligis la kredantojn per strangetaj fatváoj, kiuj renversigis őiujn ideojn jam ricevitajn. Tiamaniere li restarigis la ḥádíojn, laů kiuj Mahometo estus dirinta: 'La monato Ramađán estas őiam plena.' Ne serőesplorinte la devenojn de ői tiu tradicio, ne zorginte scii, őu indas fidon tiuj, kiuj raportis ăin, li ordonis sekvi ăin laůlitere, tiel instigante al tiuj, kiuj aůskultis al li, ke ili fastu en la tago Fiṭr, kio estas grava peko. Li permesis ankaů sterniăi dum preăo kun la kapo apogita sur kristala ĕtoneto. Őiuj tiuj novecoj altiris al li grandan aron da partianoj, kiuj admiris lian sciadon kaj lian agadon; sed ili malplaőis al la oficiala ekleziularo, kies malamo, pliardigita de maltrankvilo, baldaů ne sciis pliajn limojn." (ibid., p.333.)

konstruita je lia honoro, estis kunigitaj kaj faritaj en unu konstruaĵon por gastigi la ĉiamkreskantan homamason, kiu rapidas avide sekvi lian kondukadon en preĝo. Rapide alproksimiĝas tiu tempo, kiam ne nur Zanján, sed ankaŭ la najbaraj vilaĝoj estos deklarintaj sin liaj subtenantoj.”

La ŝaho miregis pri la stilo kaj skribmaniero, per kiuj la petantoj provis akuzi ḥujjaton. Li konfidis sian miregon al Mírzá Nazar-`Alí, la Hakím-Báshí, kaj rememoris la ardan tributon, kiun multaj vizitantoj en Zanján faris pri la kapablecoj kaj honesto de la akuzito. Li decidis alvoki lin kaj liajn kontraŭulojn al ṭihrán. En speciala kunveno, kiun li mem ĉeestis kune kun ḥájí Mírzá Áqásí kaj la ĉefaj altranguloj de la registaro, kiel ankaŭ aro de la konataj ulemoj de ṭihrán, li vokis la ekleziajn ĉefojn de Zanján pravigi la pretendojn antaŭigitajn de ili. Kiajn ajn demandojn ili antaŭmetis antaŭ ḥujjaton rilate al la instruoj de sia Kredo, li respondis laŭ tia maniero, ke ĝi nepre gajnis la absolutan admiron de liaj aŭdantoj kaj firmigis la konfidon de la suvereno pri lia senkulpeco. La ŝaho esprimis sian plenan kontenton, kaj sufiĉege rekompencis ḥujjaton pro la bonega maniero, laŭ kiu li sukcesis refuti la asertojn de siaj malamikoj. Li ordonis lin reiri al Zanján kaj rekomenci siajn valorajn servadojn al la afero de sia popolo, certigante al li, ke li senkondiĉe subtenos lin, kaj petante informon pri ia malfacilaĵo, kiu okaze malhelpus lin estonte.[544]

Lia alveno al Zanján estis signalo por furioza insultego flanke de liaj humiligitaj kontraŭuloj. Dum la evidentiĝoj de ilia malamikeco multobliĝis, la signoj de sindono flanke de liaj amikoj kaj subtenantoj laŭe plimultiĝis.[545] Tute malestimante iliajn konspirojn, li daŭrigis siajn agadojn kun nemalfortiĝanta fervoro.[546] La liberalaj principoj, kiujn li senĉese kaj sentime probatalis, trafis eĉ la radikon de la konstruaĵo, kiun bigota malamiko penege starigis. Ili vidis kun senpotenca furiozo la disrompiĝon de siaj institucioj.

Estis en tiuj tagoj, ke lia speciala sendito, Mashhadí Aḥmad, kiun li konfidence sendis al Shíráz kun petskribo kaj donacoj de si al Báb, alvenis al Zanján kaj transdonis al li, dum li estis alparolanta siajn disĉiplojn, sigelitan leteron de lia Amato. En la Tabuleto ricevita, Báb donacis al li unu el siaj propraj titoloj, ḥujjat, kaj instigis lin proklami el la katedro tute senkondiĉe la fundamentajn instruojn de sia Kredo. Tuj kiam li informiĝis pri la deziroj de sia Majstro, li deklaris sian decidon sindoni al tuja efektivigo de ĉiu ordono en tiu Tabuleto. Li tuj forsendis siajn disĉiplojn, ordonis al ili fermi siajn librojn, kaj deklaris sian intencon ĉesi siajn studkursojn. “Pro kia profito,” li diris, “estas studado kaj esplorado al tiuj, kiuj jam trovis la veron, kaj pro kio serĉadi sciadon, kiam Tiu, kiu estas la Celo de la tuta sciado, estas malkaŝita?”

Tuj kiam li provis gvidi la kongregacion de Diservo vendreda ordonita al li de Báb,[547] la Imám-Jum`ih, kiu ĝis tiam plenumis tiun devon, fervore protestis pro tio, ke ĉi tiu rajto estis la ekskluziva privilegio de siaj propraj prapatroj, ke ĝi estis donacita al li de lia suvereno, kaj ke neniu, kiel ajn alta estu lia rango, povos uzurpi ĝin. “Tiu rajto,” ḥujjat rediris, “estas anstataŭigita per la aŭtoritato, kiun la Qá’im mem havigis al mi. Li ordonis al mi surpreni tiun funkcion publike, kaj mi ne povas permesi al iu translimiĝi sur tiun rajton. Se mi estos atakita, mi klopodos defendi min kaj protekti la vovojn de miaj kunuloj.”

Lia sentima instisto pri la devo ordonita al li de Báb igis la ulemojn de Zanján interligiĝi kun la Imám-Jum`ih[548] kaj meti siajn plendojn antaŭ ḥájí Mírzá Áqásíon, pretekstante, ke ḥujjat disputas la validecon de aŭtoritatigitaj institucioj kaj insultas iliajn rajtojn. “ni devas aŭ forkuri el ĉi tiu urbeto,” ili pledis, “kaj lasi lin en sola ĉefeco de la destinoj de ĝiaj loĝantoj, aŭ akiri de ŝaho Muḥammad edikton por lia tuja elpelo el ĉi tiu lando; ĉar ni firme opinias, ke permesi al li resti sur ĝia tero estus serĉi malfeliĉegon.” Kvankam en sia koro ḥájí Mírzá Áqásí malfidis la ekleziularon de sia lando kaj sentis veran malŝaton kontraŭ iliaj kredoj kaj praktikoj, tamen li estis fine devigita cedi al iliaj urĝaj postuloj, kaj antaŭmetis la aferon antaŭ ŝahon Muḥammad, kiu ordonis la translokigon de ḥujjat el Zanján al la ĉefurbo.

Kurdo nomita Qilíj Khán estis komisiita de la ŝaho transdoni al ḥujjat la reĝan alvokon. Báb dume alvenis en la najbarecon de ṭihrán survoje al Tabríz. Antaŭ la alveno de la reĝa sendito al Zanján, ḥujjat sendis al sia Majstro unu el siaj amikoj, certa Khán-Muḥammad-i-Túb-Chí, kun peto, en kiu li petegis permeson savi Lin de la malamiko. Báb

---

[544] “Tiu ői venis kaj, per la ăentileco de siaj manieroj, per la őarmo eliăanta el li, baldaŭ logis őiujn, kiuj interrilatis kun li, kaj eő Lian Reăan Moĕton. Oni rakontas, ke unu tagon, kiam li estis őe la ĕaho kun kelkaj el siaj kolegoj, uu el ili, ulemo de Kášľán, eligis paperon de sia brusto kaj transdonis ăin al la reăo por subskribi. Ăi temis pri farmán konsentanta salajron. Komprenante, ḥujjat leviăis kaj kun impetegeco senhonorigis teologon, kiu pensimiăus de la registaro. Pere de ḥádíoj kaj sia scio pri la Korano, li elpruvis őion hontindan pri tiaspeca intercedo, kiu devenis de la Baní-Umayyih. Liaj kolegoj ege furioziăis, sed la ĕaho, al kiu plaőis tia sincereco, turnis sin al nia heroo, transdonis al li bastoneton kaj ringon, kaj permesis lin reiri al Zanján.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas, pp.333-4.)

[545] “La loăantoj de Zanján amasiăis antaů li foroferantaj bovojn, ĕafojn kaj kokinojn. Dekdu infanoj dekdujaraj, portantaj ruăan koltukon por montri, ke ili estas pretaj oferi sin survoje, marĕis meze de la procesio. Tio estis triumfa eniro.” (Ibid., p.334.)

[546] “Li faris el siaj disőiploj modelojn de virteco kaj abstinenco. De nun oni sensoifiăis per la kaliko de religiaj signifoj. Ili fastis dum tri monatoj, plilongigis la preăojn per aldono őiutage de la preăo Ja’far-i-Tayyár, lavis sin unu fojon dum la tago per la akvo de la Qur (laůleăa mezuro de pureco), kaj fine vendrede la homoj őirkaůis la moskeojn.” (Ibid., p. 334.)

[547] “Fine, li ekelparolis laůte la vendredan preăon, kiu devas anstataůi la őiutagan preăon, kiam aperas la Imám. Tiam li komentariis pri kelkaj vortoj de Báb kaj finis jene: “La celo de la tuta mondo estas inter niaj manoj hodiaů, sen kurteno, sen malhelpoj. La suno de Vero leviăis, kaj la lumoj de imago kaj de imito ne brilas plu. Ke viaj okuloj rigardu Bábon, ne min, kiu estas la plej malalta el Liaj sklavoj. Mia sciado kompare kun Lia estas kiel estingita kandelo kompare kun la suno. Sciu Dion per Dio kaj la sunon per ăiaj radioj. Ja hodiaů aperis la ṣáḥibu’z-Zamán, la Sultano de Eblecoj vivas.’ Oni povas imagi, őu tiu priparolado faris profundan impreson sur lian aůdantaron. Preskaů őiuj konvinkiăis, kaj konversaciis inter si nur pri la vereco de Báb. (Ibid., p.335.)

[548] “Efektive la konvertiăo de Mullá Muḥammad-`Alí kaj liaj multaj partianoj kaůzis denove perdon de pacienco flanke de la Imám-Jum’ih kaj la Šľayňľu’l-Islám. Ili skribis furiozajn leterojn al Lia Reăa Moĕto, kiu respondis al ili per arestigo de la kulpulo.” (Ibid., p.336.)

certigis lin, ke Lian liberigon la Plejpotenculo sola povus efektivigi, kaj ke neniu povas forkuri de Lia dekreto aŭ eviti Lian leĝon. “Rilate al via renkontiĝo kun Mi,” Li alskribis, “ĝi baldaŭ okazos en la alia mondo, la hejmo de nevelkema gloro.”

En la tago, kiam ḥujjat ricevis tiun komunikon, Qilíj Khán alvenis al Zanján, sciigis al li la ordonojn, kiujn li ricevis, kaj, akompanate de li, ekiris al la ĉefurbo. Ilia alveno al ṭihrán koincidis kun la foriro de Báb el la vilaĝo Kulayn, kie Li estis detenita dum kelkaj tagoj.

La aŭtoritatuloj, antaŭtimante, ke la renkontiĝo inter Báb kaj ḥujjat kondukos al novaj maltrankviloj, faris la necesajn antaŭzorgojn por certigi la foreston de ĉi tiu el Zanján dum la trairo de Báb tra tiu urbeto. La kunuloj sekvantaj ḥujjaton ĉe distanco dum li estis survoje al la ĉefurbo, estis instigitaj de li reiri kaj provi renkonti sian Majstron kaj certigi Lin pri lia preteco veni savi Lin. Survoje reen al siaj hejmoj ili renkontis Bábon, kiu denove esprimis sian deziron, ke neniu el Liaj amikoj provu liberigi Lin el Lia mallibereco. Li eĉ ordonis al ili diri al la kredantoj inter siaj samurbanoj ne premadi ĉirkaŭ Li, sed eĉ eviti Lin, kien ajn Li irus.

Tuj kiam tiu komuniko estis transdonita al tiuj, kiuj eliris bonvenigi lin ĉe Lia alproksimiĝo al ilia urbeto, ili ekmalĝojis kaj bedaŭregis sian sorton. Tamen, ili ne povis rezisti la impulson, kiu instigis ilin elmarŝi renkonte al Li, forgesemaj pri la deziro de Li esprimita.

Tuj kiam renkontis ilin la gardistoj, kiuj marŝis antaŭ sia Kaptito, ili estis senkompate disigitaj. Ĉe vojforko okazis disputo inter Muḥammad Big-i-Chápárchí kaj lia kolego, kiu estis sendita el ṭihrán por helpi konduki Bábon al Tabríz. Muḥammad Big insistis, ke ilia Malliberulo estu kondukita en la urbeton, kie Li estu permesita pasigi la nokton en la karavana loĝejo de Mírzá Ma`ṣúm-i-ṭabíb, patro de Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-ṭabíb, martiro de la Kredo, antaŭ ol ili rekomencos sian iradon al Ádhirbáyján. Li pledis, ke pasigi la nokton ekster la pordego endanĝerigus iliajn vivojn, kaj kuraĝigus iliajn kontraŭulojn provi atakon kontraŭ ili. Li fine sukcesis konvinki sian kolegon, ke li konduku Bábon al tiu karavana loĝejo. Trapasante la stratojn, ili miregis vidi la homamason, kiu amasiĝis sur la tegmentojn en sia avideco ekvidi la vizaĝon de la Malliberulo.

Mírzá Ma`ṣúm, la antaŭa posedanto de la karavana loĝejo, estis ĵus mortinta, kaj lia plejaĝa filo, Mírzá Muḥammad-`Alí, la ĉefa kuracisto de Hamadán, kiu, kvankam ne kredanto, tamen estis vera amanto de Báb, alvenis al Zanján kaj funebris sian patron. Li ameme akceptis Bábon en la karavanan loĝejon, kiun li jam antaŭe speciale pretigis por Lia akcepto. En tiu nokto li restis ĝis malfrue en Lia ĉeesto kaj estis tute allogita al Lia Afero.

“En tiu sama nokto, kiu vidis mian konvertiĝon,” mi aŭdis lin poste rakonti, “mi leviĝis antaŭ tagiĝo, ekbruligis mian lanternon, kaj, antaŭita de la servanto de mia patro, direktis miajn paŝojn al la karavana loĝejo. La gardistoj postenigitaj ĉe la enirejo rekonis min kaj permesis al mi eniri. Báb estis lavadanta sin, kiam oni kondukis min en Lian ĉeeston. Mi multe impresiĝis, kiam mi vidis Lin enprofundiĝintan en siaj preĝoj. Sento de respektega ĝojo plenigis mian koron dum mi staris malantaŭ Li kaj preĝis. Mi mem pretigis Lian teon kaj estis proponanta ĝin al Li, kiam Li turnis sin al mi kaj ordonis min foriri al Hamadán. ‘Ĉi tiu urbeto’, Li diris, ‘eniĝos en grandegan tumulton, kaj ĝiaj stratoj estos plenaj de sango.’ Mi esprimis mian fortan deziron esti permesita verŝi mian sangon sur Lia vojo. Li certigis min, ke la horo de mia martiriĝo ankoraŭ ne venis, kaj ordonis min esti rezigna pri tio, kion ajn Dio dekretus. Je sunleviĝo, dum Li surseliĝis kaj pretiĝis por foriri, mi petegis permeson sekvi Lin, sed Li konsilis al mi resti, kaj certigis min pri siaj senĉesaj preĝoj. Rezigna pri Lia volo, kun bedaŭro mi rigardadis Lin malaperi de mia vido.”

Alveninte al ṭihrán ḥujjat estis kondukita en la ĉeeston de ḥájí Mírzá Áqásí, kiu esprimis, pro la ŝaho kaj si, sian ĝenon pri la ega malamikeco, kiun lia sintenado ekscitis inter la ulemoj de Zanján. “Ŝaho Muḥammad kaj mi,” li diris al li, “estas senĉese sieĝataj per buŝaj, kiel ankaŭ per skribitaj denuncoj kontraŭ vi. Mi apenaŭ povas kredi ilian akuzadon pri via forlaso de la Kredo de viaj prapatroj. Kaj la ŝaho ne inklinas kredi tiajn asertojn. Mi estas ordonita de li alvoki vin al lia ĉefurbo kaj instigi vin refuti tiajn akzuojn. Mi malĝojas aŭdi, ke viro, kiun mi konsideras senlime supera en sciado kaj kapableco al Siyyid-i-Báb, elektis aliĝi al lia kredo.” “Tute ne,” respondis ḥujjat; “Dio scias, ke, se tiu sama Siyyid konfidus al mi la plej malaltan servon en sia domo, mi konsiderus ĝin kiel tian honoron, kian la plej altaj favoroj de mia suvereno neniam esperus superi.” “Tio tute ne povas esti!” ekkriis ḥájí Mírzá Áqásí. “Estas mia firma jak nealiigebla konvinko,” ḥujjat denove certigis, “ke ĉi tiu Siyyid de Shíráz estas ja Tiu, kies alvenon vi mem kun ĉiuj popoloj de la mondo avide atendas. Li estas nia Sinjoro, nia promesita Savanto.”

ḥájí Mírzá Áqásí raportis al aferon al ŝaho Muḥammad, al kiu li esprimis siajn timojn, ke permesi al tiel timeginda kontraŭulo, kiun la suvereno mem opiniis esti la plej klera ulemo de sia regno, daŭrigi nemalhelpite siajn agadojn, estus ago ŝarĝita de plej serioza danĝero al la Ŝtato. La ŝaho, malinklina kredi tiujn raportojn, kiujn li atribuis al la malico kaj envio de la malamikoj de la akuzito, ordonis, ke speciala kunveno estu kunvokita, ĉe kiu li estu petanta pravigi sian vidpunkton en la ĉeesto de la kunigitaj ulemoj de la ĉefurbo.

Kelkaj kunvenoj estis okazigitaj tiucele, antaŭ ĉiu el kiuj ḥujjat elokvente klarigis la fundamentajn pretendojn de sia Kredo kaj konfuzis la rezonojn de tiuj, kiun provis kontraŭi lin. “Ĉu ne la jena tradicio,” li sentime respondis, “estas akceptita egale de ŝiana kaj sunnana Islámo: ‘Mi lasas inter vi miajn duopajn atestojn, la Libro de Dio kaj mia familio’? Ĉu la dua el ĉi tiuj atestoj laŭ via opinio ne foriĝis, kaj ĉu niaj solaj rimedoj por gvidado rezulte ne enestas en la atesto de la sankta Libro? Mi alpetas vin mezuri ĉiun pretendon, kiun iu el ni antaŭigos, per la normo starigita en tiu Libro, kaj

konsideri ĝin kiel la superan aŭtoritaton, per kiu la justeco de nia rezonado estu juĝita.” Senpovaj defendi sian aferon kontraŭ li, kiel fina rimedo ili kuraĝis peti al li motri miraklon, per kiu starigi la verecon de sia aserto. “Kio povus esti pli granda miraklo,” li ekkriis, “ol tio, ke Li ebligu al mi venki, sola kaj nehelpita, nur per la potenco de mia rezonado, la kunigitajn fortojn de la mujtahidoj kaj ulemoj de ṭihrán?”

La majstra maniero, laŭ kiu ḥujjat rifutis la malsaĝajn pretendojn antaŭenigitajn de siaj kontraŭuloj, gajnis por li la favoron de sia suvereno, kiu de tiu tago ne estis plu influita de la duondiroj de liaj malamikoj. Kvankam la tuta anaro de la ulemoj de Zanján, kiel ankaŭ aro de la ekleziaj ĉefoj de ṭihrán, deklaris lin esti senkredulo kaj kondamnis lin al morto, tamen ŝaho Muḥammad daŭris superŝuti lin per siaj favoroj kaj certigi lin, ke li povus fidi al lia subteno. Kvankam kore malamika kontraŭ ḥujjat, tamen ḥájí Mírzá Áqásí, pro tiel certaj signoj de reĝa favoro, estis senpova rezisti lian influon publike, kaj per siaj oftegaj vizitoj ĉe li, kaj per la donacoj, kiujn li donacadis al li, tiu ruzema ministro provis kaŝi siajn kontraŭsenton kaj envion.

ḥujjat estis efektive malliberulo en ṭihrán. Li ne povis iri tra la pordegoj de la ĉefurbo, nek oni permesis al li liberan interrilaton kun liaj amikoj. La kredantoj inter liaj samurbanoj fine decidis sendi deputitaron kaj peti de li novajn instrukciojn rilate al sia sentenado al la leĝoj kaj principoj de sia Kredo. Li ordonis al ili plenumi kun absoluta lojaleco la admonojn, kiujn li ricevis de Báb pere de la senditoj, kiujn li sendis por esplori Lian Aferon. Li elnomis serion da ritoj, el kiuj kelkaj formis difinitan deflankiĝon de la akceptitaj tradicioj de Islámo. “Siyyid Káẓim-i-Zanjání,” li certigis al ili, “intime interrilatis kun mia Majstro kaj en Shíráz kaj en Iṣfáhán. Li, kiel ankaŭ Mullá Iskandar kaj Mashhadí Aḥmad, kiujn ambaŭ mi sendis renkonti Lin, pozitive deklaris, ke Li mem estas la unua plenumi la ritojn, kiujn Li ordonis al la kredantoj. Decas do al ni, kiuj estas Liaj subtenantoj, sekvi Lian noblan ekzemplon.”

Tuj kiam oni legis tiujn ĉi instrukciojn al liaj kunuloj, ili flamiĝis per nekontraŭstarebla deziro plenumi liajn dezirojn. Ili entuziasme eklaboris efiki la leĝojn de la nove Spiritordo, kaj, cedinte siajn antaŭajn kutimojn kaj praktikojn, senhezite dediĉis sin al ĝiaj pretendoj. Eĉ la etaj infanoj estis kuraĝigitaj sekvi konscience la admonojn de Báb. “Nia amata Majstro,” oni instruis al ili diri, “mem estas la unua praktiki ilin. Pro kio ni, kiuj estis Liaj privilegiitaj disĉiploj, hezitu fari ilin la regantaj principoj de nia vivo?”

ḥujjat estis ankoraŭ malliberulo en ṭihrán, kiam la novaĵo pri la sieĝo de la fortikaĵo de ṭabarsí atingis lin. Li sopiris, kaj bedaŭregis sian senpovon, partopreni la sorton kun tiuj el siaj kunuloj, kiuj batalis kun tiel bonega heroeco por la emancipo de sia Kredo. Lia sola konsolo en tiuj tagoj estis sia intima kunesto kun Bahá’u’lláh, de kiu li ricevis al subtenan povon, kiu ebligis al li poste desitingiĝi per faroj ne malpli rimarkindaj, ol tiuj, kiujn tiu anaro evidentigis en la plej mallumaj horoj de sia memroinda batalo.

Li estis ankoraŭ en ṭihrán, kiam ŝaho Muḥammad mortis, lasante la tronon al sia filo, ŝaho Náṣiri’d-Dín[549] La Amír-Niẓám, la nova Granda Veziro, decidis fari la malliberigon de ḥujjat pli rigora, kaj elpensi dume rimedon por detrui lin. Informiĝinte pri la proksimeco de la danĝero minacanta lian vivon, lia malliberulo decidis forlasi ṭihránon alivestita kaj kuniĝi kun siaj kunuloj, kiuj avide atendis lian revenon.

Lia alveno al sia naskiĝurbeto, kiun certa Karbilá’í Valí-`Aṭṭár anoncis al siaj kunuloj, estis signalo por grandega elmontro de sindona lojaleco flanke de liaj multaj admirantoj. Ili elamasiĝis, viroj, virinoj, kaj infanoj, por bonvenigi lin kaj renovigi siajn certigojn de daŭra kaj nemalpliianta korinklino.[550] La guberniestro de Zanján, Majdu’d-Dawlih,[551] patrinflanka onklo de ŝaho Náṣiri’d-Dín, miregigita de la spontaneeco de tiu ovacio, en la furiozo de sia malespero ordonis, ke la lango de Karbilá’í Valí-`Aṭṭár estu tuj eltranĉita. Kvankam kore li malŝategis ḥujjaton, tamen li pretekstis esti lia amiko kaj bondeziranto. Li ofte vizitis lin kaj montris al li senliman konsideremon, tamen li sekrete konspiris kontraŭ lia vivo kaj atendis la momenton, kiam li povus ekbati fatale.

Tiu bruletanta malamikeco estis baldaŭ flamigota de okazaĵo, kiu sola malmulte gravis. Tio okazis, kiam kverelo neatendite ekiĝis inter du infanoj de Zanján, unu el kiuj apartenis al parenco de unu el la kunuloj de ḥujjat. La guberniestro tuj ordonis, ke tiu infano estu arestita kaj severe malliberigita. Monsumo estis proponita de la kredantoj al la guberniestro por inklinigi lin liberigi sian junan malliberulon. Li malakceptis ilian proponon, ĉe kio ili plendis al

---

[549] “Li estis en ṭihrán ăis la momento, kiam, post la morto de ĕaho Muḥammad, Naṣíri’d-Dín Mírzá, fariăinte ĕaho Naṣíri’d-Dín, elektis kiel guberniestron de Zanján unu el siaj onkloj, Amír Arslán Ňľán Majdu’d-Dawlih, kiu estis Išľíq Ářľásí de la palaco.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas. p.337.)

[550] “Li tien faris triumfan eniron, eő tian, kian li ne estus havinta kelkajn monatojn antaůe. Efektive, post kiam li fariăis bábano, li atentis, ke aliău al őiuj liaj malnovaj amikoj la akceptintoj de la nova doktrino. Granda aro da riőaj kaj ĕatataj homoj, militistoj, komercistoj, eő Mulláoj, venis renkonte al li őe distanco de unu aů du haltejoj kaj kondukis lin al lia loăejo, ne kiel revenintan rifuăinton, ne kiel peteganton, kiu nur petas ripozon, eő ne kiel konkuranton timigindan. Estis majstro, kiu aperis.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.193.) “La aůtoro de la ‘Násiňľu’t-Taváríňľ’ mem konfesas, ke granda nombro da loăantoj de Zanján, kaj inter ili altranguloj de la urbo, venis ăis du haltejoj renkonte al la forkuranto. Li estis akceptita kiel venkinto, kaj oni oferbuőis multegajn ĕafojn je lia honoro. Neniu el la kontraůa partio kuraăis postuli pravigon pri lia forkuro el ṭihrán kaj pri lia reveno al Zanján. Sed Islámo suferis malagrablaŕojn, őar la Zanjánano tute ne hezitis prediki laůtvoőe la novan doktrinon. La mahometana aůtoro rimarkigas, ke őiuj Zanjánoj estas stultuloj, kaj pro tio ili tuj enkaptiăis; sed, tuj kontraůdirante siajn unuajn vortojn, li deklaris, ke nur sentaůgulaőoj, enviemaj pri la riőecoj de ői tiu mondo, kaj senreligiuloj kolektiăis őirkaů la nova őefo. Ili estis grandnombraj, se oni kredus lin, őar li taksis ilin ăis dekkvin mil personoj, kio ĕajnas al mi esti iom troigita.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas. p. 337-8.)

[551] “Majdu’d-Dawlih, guberniestro de la urbo, viro kruela kaj severa, furiozigita vidi, ke revenis tia eminentulo tiel trudema kiel Hujjat, skurăigis Muḥammad Bigon kaj eltranőigis la langon de Kárbilá’í Valí.” (Ibid. p.337.)

ḥujjat, kiu fervore protestis. “Tiu infano,” li skribis al la guberniestro, “estas tro juna respondeci pri sia konduto. Se li meritas punon, lia patro kaj ne li suferu.”

Trovinte, ke oni ignoris la alpeton, li renovigis sian proteston kaj konfidis ĝin al unu el siaj influaj kamaradoj, Mír Jalíl, patro de Siyyid Ashraf kaj martiro de la Kredo, instrukciante al li doni ĝin persone al la guberniestro. La gardistoj postenigitaj ĉe la enirejo de la domo unue rifuzis al li enlason. Indigna pri ilia rifuzo, li minacis devigi sian vojon tra la prodo, kaj per la nura minaco, ke li elingigos sian glavon, li sukcesis venki ilian kontraŭstaron kaj devigi la furiozigitan guberniestron liberigi la infanon.

La senkondiĉa cedo de la guberniestro al la postulo de Mír Jalíl ekscitis la furiozan indignon de la ulemoj. Ili furioze protestis, kaj malaprobis lian submetiĝon al la minacoj, per kiuj iliaj kontraŭuloj provis timigi lin. Ili esprimis al li sian timon, ke tia cedo liaparte kuraĝigus ilin fari ankoraŭ pli grandajn postulojn al li, ebligus al ili antaŭnelonge preni sur sin la kondukilojn de aŭtoritato kaj eksterigi lin el ĉiu partopreno en la administrado de la registaro. Ili fine inlinigis lin konsenti al la aresto de ḥujjat, kio, ili konvinkiĝis, sukcesus haltigi la progreson de lia influo.

La guberniestro malinkline konsentis. La ulemoj certigadis al li, ke lia ago neniel endanĝerigus la pacon kaj sendanĝerecon de la urbeto. Du el iliaj subtenantoj, Pahlaván[552] Asadu’lláh kaj Pahlaván ṣafar-`Alí, ambaŭ malbonfamaj pro siaj brutuleco kaj mireginda forto, proponis sin por ekkapti ḥujjaton kaj konduki lin katenigitan al la guberniestro. Al ĉiu estis promesita bela rekompenco pro ĉi tiu servo. Verstitaj en siaj armaĵoj, kun kaskoj sur la kapoj, kaj sekvitaj de brutularo varbita el inter la plaj malnobla elemento de la loĝantaro, ili ekiris plenumi sian celon. La ulemoj dume okupiĝis inciti la vulgarularon kaj kuraĝigi ilin plifortigi siajn penojn.

Tuj kiam la senditoj alvenis en la kvartalon, en kiu ḥujjat loĝis, neatendite kontraŭstaris ilin Mír ṣaláḥ, unu el liaj plej timigindaj subtenantoj, kiu, kune kun sep el siaj armitaj kunuloj, energie kontraŭstaris ilian antaŭeniron. Li demandis al Asadu’lláh, kien li iras, kaj, rivevinte de li insultan respondon, elingigis sian glavon kaj, kun la krio “Yá ṣáḥibu’z-Zamán!”[553] saltis sur lin kaj vundis lian frunton. Malgraŭ la peza armaĵo, kiun lia kontraŭulo portis, la kuraĝego de Mír ṣaláḥ timigis la tutan anaron kaj igis ilin forkuri en diversajn direktojn.[554]

La krio, kiun tiu kuraĝa defendanto de la Kredo laŭtigis en tiu tago, aŭdiĝis por la unua fojo en Zanján, krio, kiu disvastigis panikon tra la urbo. La guberniestro teruriĝis pro ĝia grandega forto, kaj demandis, kion signifas tiu laŭtkrio, kaj kies voĉo povas laŭtigi ĝin?. Li tremegis, kiam oni diris al li, ke ĝi estas la signaldiro de la kunuloj de ḥujjat, per kiu ili alvokas la helpon de la Qá’im en la horo de aflikto.

La restaĵoj de tiu timigita anaro iom poste renkontis Shaykh Muḥammad-i-Túb-Chíon, kiun ili tuj rekonis kiel unu el siaj plej kapablaj kontraŭuloj. Trovinte lin nearmita, ili ĵetis sin sur lin kaj, per hakilo, kiun unu el ili portis, batis lin kaj rompis lian kapon. Ili portis lin al la guberniestro, kaj tuj kiam ili kuŝigis la vunditon, certa Siyyid `Abu’l-Qásim, unu el la mujtahidoj de Zanján ĉeestantaj, antaŭensaltis kaj per sia tranĉileto pikvundis lian bruston. La guberniestro ankaŭ, elingiginte sian glavon, batis lian buŝon kaj estis sekvata de la deĵorantoj, kiuj per la armiloj, kiujn ili portis kun si, finis la murdon de sia malfeliĉa viktimo. Dum iliaj batoj pluvadis sur lin, oni aŭdis lin diri, neatenta pri siaj suferadoj: “Mi dankas Vin, ho mia Dio, ke Vi bonvolis al mi la kronon de martireco.” Li estis la unua inter la kredantoj de Zanján morti sur la vojo de la Afero. Lia morto, kiu okazis vendrede, la kvaran de Rajab, en la jaro 1266 p.H.,[555] antaŭis per kvardek kvin tagoj la martiriĝon de Vahíd kaj per kvindek kvin tagoj tiun de Báb.

La sango verŝita en tiu tago, kiu tute ne moderigis la malamikecon de la malamiko, emis pliflamigi iliajn pasiojn kaj plifortigi ilian decidon subigi al la sama sorto la ceterajn kunulojn. Kuraĝigitaj de la silenta aprobo de la guberniestro pri iliaj esprimitaj intencoj, ili decidis mortigi ĉiujn, kiujn ili povus trovi, sen antaŭa akiro de definitiva rajtigo de la registaraj altranguloj. Ili solene interkonsentis inter si ne ripozi ĝis ili estus estingintaj la fajron, kiun ili konsideris senhonta herezo.[556] Ili devigis la guberniestron ordoni, ke anoncisto proklamu ĉie tra Zanján, ke, kiu ajn volus endanĝerigi sian vivon, punperdi sian propraĵon, kaj elmeti siajn edzinon kaj infanojn al mizero kaj honto, tiu partoprenu la sorton de ḥujjat kaj liaj kunuloj; kaj ke tiuj, kiuj deziras certigi la bonstaton kaj honoron de si kaj siaj familioj, foriĝu el la ĉirkaŭaĵo, en kiu tiuj kunuloj loĝadas, kaj serĉu la ŝirman protaktadon de la survereno.

Tiu averto tuj dividis la loĝantojn en du apartajn anarojn, kaj severe epruvis la kredon de tiuj, kiuj ankoraŭ ŝanceliĝis en sia lojaleco al la Afero. Ĝi kaŭzis plej kortuŝajn scenojn, apartigis patrojn de iliaj filoj kaj amlamikigis fratojn kaj parencojn. Ĉiu ligilo de monda korinklino ŝajnis dessolviĝi en tiu tago, kaj solenaj promesoj estis forlasitaj pro lajaleco pli potenca kaj pli sankta, ol iu surtera lojaleco. Zanján viktimiĝis al plej sovaĝa ekscito. La krio de malfeliĉo, kiun anoj de disigitaj familioj en frenezo de malespero laŭtigis al la ĉielo, miksiĝis kun la blasfemaj laŭtkrioj, kiujn minacanta

---

[552] Vidu la Glosaron.

[553] Vidu la Glosaron.

[554] “La mahometanoj forkuris őe tiu vidaŕo, kaj la vundito estis flegita de la onklino mem de Mír ṣaláḥ, en sia domo.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas. p. 341.)

[555] 16. Majo, 1850 p.Kr.

[556] “La guberniestro kaj la ulemoj skribis al Lia Reăa Moěto raporojn, en kiuj ili malkovris siajn timon kaj embarason. La ěaho, ŕus liberigita de la milito de Mázindarán, furiozigite vidante de sia ṣadr-i-A’ýam kaj de la ulemoj, kiuj deklaris sanktan milition, orodnis mirtigi la bábanojn kaj rabadi iliajn havaŕojn. Estis vendrede, la 3-an de Rajab, kiam la ordono alvenis al Zanján.” (Ibid. pp.341-2.)

malamiko ĵetegis sur ilin. Laŭtkrioj de ĝojego salutis ĉie tiujn, kiuj, disiĝinte de siaj hajmoj kaj parencoj, varbiĝis kiel volontaj subtenantoj de la Afero de ḥujjat. La tendaro de la malamiko zumis pro febra agado prepare por la granda batalo de ili sekrete decidita. Plifortigoj estis rapidigitaj en la urbeton el la najbaraj vilaĝoj, komanditaj de ĝia guberniestro kaj kuraĝigitaj de la mujtahidoj, la siyyidoj kaj la ulemoj. Kiuj subtenis lin.[557]

Nemalinstigita de la pliiĝanta tumulto, ḥujjat supreniris la katedron kaj laŭtvoĉe proklamis al la kongregacio: “La mano de Ĉiopovo en ĉi tiu tago apartigis la veron de malvero kaj disigis la lumon de gvidado de la mallumo de eraro. Mi ne volas, ke pro mi ve suferu malutilon. La sola celo de la guberniestro kaj de la ulemoj subtenantaj lin estas ekkapti kaj mortigi min. Ili konservas  nenian alian ambicion. Ili sopiras mian sangon kaj serĉas neniun krom mi. Kiu ajn inter vi sentas malplejan deziron protekti sian vivon kontraŭ la danĝeroj ĉirkaŭantaj nin, kiu ajn malinklinas oferi sian vivon pro nia Afero, antaŭ ol estos tro malfrue, tiu foriru el ĉi tiu loko kaj reiru tien, el kie li venis.[558]

En tiu tago, pli ol trimil viroj estis rekrutigitaj de la guberniestro el la ĉirkaŭaj vilaĝoj de Zanján. Dume Mír ṣaláḥ, akompanata de aro da siaj kunuloj, kiuj vidis la pliiĝantan senpaciancon de siaj kontraŭuloj, serĉis la ĉeeston de ḥujjat kaj instigis lin, kiel antaŭzorga rimedo, translokigi sian loĝadejon al la fortikaĵo de `Alí-Mardán Khán,[559] proksime al la kvartalo, en kiu li estis loĝadanta. ḥujjat konsentis kaj ordonis, ke iliaj edzinoj kaj infanoj, kune kun bezonataj majĝaĵoj, estu portitaj en la fortikaĵon. Kvankam ili trovis ĝin okupata de ĝiaj posedantoj, tamen la kunuloj fine inklinigis al ili foriĝi, kaj donis al ili interŝanĝe la domojn, en kiuj ili mem estis loĝintaj.

La malamiko dume pretiĝis por furioza atako kontraŭ ili. Tuj kiam taĉmento de ilia militistaro ekpafis sur la barikadojn, kiujn la kunuloj starigis, Mír Riḍá, siyyid de escepta kuraĝo, petis al sia ĉefo permeson provi kapti la guberniestron kaj konduki lin kiel malliberulon al la fortikaĵo. ḥujjat, ne volante konsenti al lia peto konsilis al li ne riski sian vivon.

La guberniestro estis tiel timigita, kiam oni informis lin pri la intenco de tiu siyyid, ke li decidis forlasi Zanjánon tuj. Tamen, li estis malkonsilita fari tion de certa siyyid, kiu pledis, ke lia foriro estus signalo por tiaj seriozaj maltrankviloj, ke ili malhonorigus lin antaŭ liaj superuloj. La siyyid mem, kiel signo de sia fervoro, ekigis ofensivon kontraŭ la okupantoj de la fortikaĵo. Tuj kiam li signalis atakon kaj antaŭiris antaŭ anaro de tridek el siaj kunuloj, li neatendite renkontis du el siaj kontraŭuloj marŝantajn kontraŭ li kun elingigitaj glavoj. Supozante, ke ili intencas ataki lin, li kun sia tuta anaro subite panikiĝis, tuj reatingis sian hajmon, kaj, forgesema pri la certigoj, kiujn li donis al la guberniestro, restis la tutan tagon enfermita en sia ĉambro. Tiuj, kiuj estis kun li, tuj disiĝis, forlasinte la penson daŭrigi la atakon. Ili poste informiĝis, ke la du viroj, kiujn ili renkontis, havis nenian malamikan intencon kontraŭ ili, sed simple estis survoje plenumi komision konfiditan al ili.

Tiu humiliga epizodo estis baldaŭ sekvata de aro da similaj provoj flanke de la subtenantoj de la guberniestro, kiuj ĉiuj tute malsukcesis atingi sian celon. Ĉiam, kiam ili rapidegis ataki la fortikaĵon, ḥujjat ordonis al kelkaj el siaj kunuloj, kiuj nobris trimil, eliri el sia rifuĝejo kaj dispeli ilian militistaron. Ĉiam, kiam li faris tiajn ordonojn, li nepre avertis ilin ne verŝi nenecese la sangon de siaj atakantoj. Li daŭre rememorigis al ili, ke ilia agado havas karakteron pure defendan, kaj ke ilia sola celo estas konservi nemalpliigita la sendanĝerecon de siaj edzinoj kaj infanoj. “N i estas ordonitaj,” oni oftege aŭdis lin rimarkigi, “nenial faradi sanktan militon kontraŭ la nekredantoj, kia ajn estu ilia sintenado al ni.”

---

[557] “Estis sufiĉe granda tumulto. La mahometanoj kvazaŭfrenezigitaj kuris ĉiuflanken, serĉante siajn edzinojn, siajn infanojn, partojn de sia meblaro. Ili iris kaj revenis, frenezaj, konfuzegitaj, priplorante tion, kion ili ne povis porti kun si. Oni vidis familiojn disiĝi, patroj forpeli siajn filojn; edzinoj, siajn edzojn; infanoj, siajn patrinojn, Tutaj domoj restis forlasitaj dum la rapidemo estis granda, kaj la guberniestro sendis en la apudajn vilaĝojn por devige varbi virojn por la sankta milito.” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas. p. 342.)

[558] “La bábanoj siaparte ne restis neagemaj. Ili organiziĝis kaj pretigis sian defendon. ḥujjat admonis al ili neniam ataki, sed ĉiam defendi sin: ‘Ho fratoj,’ li diris al ili, ‘ne hontu pri mi. Ne kredu, ke pro tio, ke vi estas la kunuloj de la ṣáḥibu’z-Zamán, vi devos venki la mondon per via glavo. Ne, mi ĵuras je Dio. Oni mortigos vin, oni bruligos vin, oni sendos viajn kapojn de urbo al urbo. La sola triumfo, kiu restas por vi, estas oferi vin, viajn edzinojn kaj viajn propraĵojn. Dio ĉiam volis, ke en ĉiu epoko la sango de kredodeklarintoj estu oleo por la lampo de religio. Vi aŭdis pri la turmentoj, dum kiuj mortis la sanktaj martiroj de Mázindarán. Oni mrotigis ilin, ĉar ili asertis, ke la promesita Mihdí aperis. Mi diras al vi, kiu ajn ne havas forton elteni la turmentojn, tiu transiru, ĉar ni estos martirigitaj. Ĉu nia majstro ne estas sub ilia povo?’ (ibid. pp.342-3.)

[559] “Necesas imagi persan urbon. La stratoj estas mallarĝaj apenaŭ kvar, kvin aŭ pleje ok futoj. La nepavimita tero estas plena de profundaj truoj, tiel, ke one devus vojiri kun senlima antaŭzorgo por ne rompi al si la krurojn. La domoj, sen fenestroj stratflanke, motras sur du flankoj longajn murojn, plej ofte altajn ĉirkaŭ kvindek futojn kaj superitajn de teraso sen balustradoj, kelkafoje tie ĉi kaj tie superitajn de kion oni nomas bábá-Ĥání aŭ pavilono malferma, kiu kutime montras domon de riĉulo. Ĉio tio estas el tero, el argilo, el brikoj sunbakitaj, kun ĉtuparo el brikoj fornbakitaj. Tia konstrumaniero de respekteginda antikveco, kiu estis uzita en la malnovaj civitoj de Mezopotamio de tempo antaŭhistoria, vere havas grandajn utilojn. Ĝi estas malmultekosta, ĝi estas saniga, ĝi alfaras sin egale al proporcioj moderaj kaj al pretendoj plej vastaj; oni povas fari el ĝi vilaĝan dometon nur kalkoblankigitan. Oni povas ankaŭ fari el ĝi palacon kovritan de la supro ĝis la malsupro per fajencaj mozaikoj brilegaj, per bildoj kaj multekostaj ornamaĵoj. Sed, kiel ĉiam okazas en ĉi tiu mondo, tiom da profitoj estas malmulte kompensitaj per la facileco, per kiu tiaspecaj domoj ruiniĝas pro plej malgranda kaŭzo. Ne estas necesa kanono; sufiĉas la pluvo, se oni ne atentas. Estas tiel, ke oni povas kompreni la specialan fizionomion de tiuj lokoj ĉiekonataj, kie memoro kaj tradicio montras grandegajn urbojn, en kiuj oni vidas nun nenion pli, ol kelkajn disrompaĵojn de temploj, de palacoj, kaj de tombaj teramasoj dissemitaj en la ebenejo. Efektive, en la daŭro de kelkaj jaroj tutaj kvartaloj malaperas ne lasante postsignojn, se la domoj ne estis bone konservitaj. Pro tio, ke ĉiuj persaj urboj estas konstruitaj laŭ la samaj fundamentaj iedeoj kaj konsistas el la samaj elementojj, oni povas imagi Zanajnon kun ĝia ĉirkaŭremparo dentigita kaj provizita de turoj, sen remparfosaĵoj, ĝiaj stratoj zigzagaj, mallarĝaj kaj krevigitaj. Meeze ekzistis speco de citadelo timiginda nomita ‘Kastelo de `Alí-Mardán Ĥán’” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.197-8.)

Ĉi tiu stato daŭris[560] ĝis la ordonoj de la Amír-Niẓám atingis unu el la generaloj de la imperiestra armeo, Ṣadru'd-Dawliy-i-Iṣfáhání laŭ nomo,[561] kiu ekiris antaŭ du regimentoj al Ádhirbáyján. La skribitaj ordonoj de la Granda Veziro atingis lin en Khamsíh, ordonantaj al li nuligi sian projektitan vojaĝon kaj iri tuj al Zanján kaj tie helpi al la militistaro kunvenigita de la registaro. "Vi estas komisiita de via suvereno", la Amír-Niẓám skribis al li, subigi la anaron de malbonfaruloj en kaj ĉirkaŭ Zanján. Estas via privilegio subpremi iliajn esperojn kaj ekstermi ilian aron. Tiel rimarkinda servo, ĉe tiel kritika momento, gajnos por vi la plej altan favoron de la ŝaho, ne malpli, ol la aplaŭdo kaj estimo de lia popolo."

raĝiga farmán ekscitis la imagon de la ambicia Ṣadru'd-Dawlih. Li marŝis tuj al Zanján antaŭ siaj du regimentoj, organizis la militistaron, kiun la guberniestro disponigis al li, kaj ordonis kombinitan atakon sur la fortikaĵon kaj ĝiajn defendantojn.[562] La batalo furioziĝis en la ĉirkaŭaĵo de la fortikaĵo tri tagojn kaj tri noktojn, dum kiuj la sieĝatoj, sub ĉefeco de Ḥujjat, kontraŭstaris kun bonega kuraĝo la furiozan atakon de siaj atakantoj. Nek iliaj superegaj nombroj nek la supereco de liaj armilaro kaj disciplino ebligis al ili devigi la sentimajn kunulojn al senkondiĉa cedo.[563] Nemalinstigitaj de la pafado de la kanonoj, per kiu oni superŝutis ilin, kaj forgesemaj pri dormo kaj malsato, ili elkuregis en senpripensa atako el la fortikaĵo, tute neatentaj pri la danĝeroj kaŭzataj de tia ekeliro. Al la malbenoj, per kiuj kontraŭstaranta armeo salutis ilian aperon el ilia rifuĝejo, ili kriegis sian respondon "Yá Ṣáḥibu'z-Zamán!" kaj, instigite de la sorĉo de tiu alpreĝo, ĵetegis sin sur la malamikon kaj dispelis lian militistaron. La oftegeco kaj sokceso de ĉi tiuj ekeliroj senkuraĝigis ilian atakantojn kaj konvinkis ilin pri la malutileco de iliaj penoj. Ili estis baldaŭ devigitaj konfesi sian senpovon gajni decidigan venkon. Ṣadru'd-Dawlih mem devis konfesi, ke post forpaso de naŭ monatoj da batalado, el ĉiuj soldatoj, kiuj origine apartenis al liaj du regimentoj, ne malpli ol tridek kripligitaj soldatoj restis por subteni lin. Plena de humiloĝo, li devis fine konfesi sian senpovon timigi la spiriton de siaj kontraŭuloj. Li estis malaltigita de sia rango kaj severe mallaŭdita de sia suvereno. La esperoj, kiujn li estis dolĉespereme konservinta, estis rezulte de tiu malvenko neregajneble frakasitaj.

Tiel malnobla malvenko ekkonsternis la korojn de la loĝantoj de Zanján. Malmultaj estis volontaj post tiu malfeliĉego riski siajn vivojn en malesperaj bataloj. Nur tiuj, kiuj estis devigitaj batali, kuraĝis renovigi siajn atakojn kontraŭ la sieĝatoj. La perforteco de la atako estis plejparte montrata de la regimentoj, kiuj estis sinsekve senditaj el Ṭihrán por tiu celo. Dum la loĝantoj de la urbeto, kaj precipe la komercistoj inter ili, ege profitis pro la subita enfluo de tiel granda militistaro, la kunuloj de Ḥujjat suferis mankon kaj senecon interne de la muroj de la fortikaĵo. Iliaj provizoj malgrandiĝis rapide; ilia sola espero ricevi iajn manĝaĵojn el ekstere kuŝis en la penoj ofte malsukcesaj de kelkaj virinoj, al kiuj prosperis sub diversaj pretekstoj alproksimiĝi al la fortikaĵo kaj vendi al ili je troega prezo la provizojn, kiujn ili tiel malfeliĉe bezonis.

Kvankam subpremataj de malsato kaj turmentataj de furiozaj kaj neatenditaj atakoj, tamen ili daŭrigis kun sentima decido la defendon de la fortikaĵo. Subtenataj de espero, kiun neniom da malfeliĉo povis malheligi, ili sukcesis starigi ne malpli ol dudek-ok barikadojn, ĉiu el kiuj estis konfidita al la prizorgo de aro da deknaŭ el iliaj kundisĉiploj. Ĉe ĉiu

---

[560] "Li (la guberniestro de Zanján), timante por si, tuj klopodis protekti sian aŭtoritaton, kaj sendis al Mírzá Muḥammad-Taqí Ňľán Amír-i-Kabír falsan raporton pri la afero; őar li timis, ke alia akiros plian influon, ol li posedis, kaj tiamaniere liaj aŭtoritato kaj estimo estos malfortigitaj. Sekve de lia prezentado, Siyyid `Alí Ňľán, leŭtnanto-Kolonelo, de Fírúz-Kúh, ricevis reăan ordonon iri al Zanján kun granda aro da kavalerio kaj infanterio, kaj aresti Mullá Muḥammad-`Alíon, kiu reiris kun siaj sekvantoj (preskaŭ kvinmil laŭnombre) al la citadelo. Alveninte, Siyyid `Alí Ňľán eksieăis la citadelon, kaj tiamaniere ekbruliăis la fajro de malpaco, kaj tagon post tago la nombro de la mortigitoj ambaŭflanke pliiăis, ăis fine li suferis malhonoran malvenkon kaj devis peti plifortigojn el la őefurbo. La guberniestro deziris sendi Ja'far-Qulí Ňľánon, leŭtnanto-kolonelo, frato de I'timádu'd-Dawlih, sed őí tiu eltiris sin, kaj diris al Mírzá Taqí Ňľán Amír-i-Kabír: 'Mi ne estas Ibn-i-Zíyád, ke mi iru kaj militu kontraŭ aro da siyyidoj kaj kleruloj, pri kies doktrinoj mi scias nenion, kvankam mi estus tre preta batali kontraŭ rusoj, judoj, aŭ aliaj senkreduloj.' Aliaj oficiroj krom li elmontris malinklinon partopreni tiun őí militon. Inter őí tiuj estis Mír Siyyid Ḥusayn Ňľán de Fírúz-Kúh, kiun Mírzá Taqí Ňľán la Amír eksigis kaj malhonorigis, tuj kiam li konatiăis kun liiaj sentoj. Tiel ankaŭ multaj el la oficiroj, kiuj estis el la sekto `Alíyu'lláha, kvankam ili partoprenis la militon, eliăis el ăi, kiam ili pli-informiăis pri la afero. Őar ilia őefo malpermesis al ili militi, kaj tial ili forkuris. Őar estas skribite en iliaj libroj, ke, kiam la soldatoj de Gúrán venos al la őefurbo de la reăo, tiam la Sinjoro de la Epoko (kiun ili nomas Dio) aperos; kaj őí tio jam plenumiăis. Ili ankaŭ posedas certajn poemojn, kiuj enhavas la daton de la Malkaěo, kaj őí tiuj realiăis. Do ili estis konvinkitaj, ke őí tio estas la Vero malkaěita, kaj petis permeson ne partopreni la militon, kiun aferon ili deklaris sin senpovaj fari. Kaj al la bábanoj ili diris: 'En postaj konfliktoj, kiam la formo de via religio plifortiăos, ni helpos vin.' Mallonge, kiam la oficiroj de la armeo vidis en siaj kontraŭuloj nenion krom sindono kaj ega pieco, kelkaj ěanceliăis sekrete, kaj ne penis plenforte en la milito." (La "Táriňľ-i-Jadíd", pp.138-43.)

[561] Laŭ Gobineau (p.198), li estis nepo de Ḥájí Muḥammad-Ḥusayn Ňľán-i-Iṣfáhání.

[562] "La kvaran tagon la mahometanoj kun granda ăojo vidis eniri en la kvartalon de la urbo de ili okupitan, Ṣadru'd-Dawlihon, nepon de Ḥájí Muḥammad-Ḥusayn Ňľán de Iṣfáhán, antaŭ rajdistoj de la triboj de Ňľamsíh, alvenintan el Sultáníyyih. Dum la sekvinta tago kaj la postaj tagoj la plifortigoj amasiăis. La unuaj estis Ṣiyyid `Alí Ňľán kaj Šľahbár Ňľán, unu de Fírúz-Kúh, la alia de Maráňľih, kun ducent rajdistoj de iliaj respektivaj triboj; Muḥammad-`Alí Ňľán-i-Šľáh-Sún, kun ducent rajdistoj afšľáraj; poste kvindek artilerianoj kun du kanonoj kaj du bombokanonoj; tiamaniere, ke la guberniestro trovis sin provizita de őiuj dezirindaj bezonrimedoj, kaj őirkaŭita de granda nombro da militistaj őefoj, el kiuj pluraj estis bonkonataj." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.198-9.) "Unu el la plej teruraj tagoj menciitaj en la ŕurnalo de la sieăo estis la 5-a de Ramađán. Muṣṭafá Ňľán, Qájár, kun la 15a regimento de Šľigáňľí; Ṣadru'd-Dawlih, kun siaj rajdistoj de Ňľamsíh, Siyyid `Alí Ňľán de Fírúz-Kúh, kun sia propra regimento; Muḥammad áqá, kolonelo, kun la regimento de Náṣir, alivorte la regimento de la reăo; Muḥammad-`Alí Ňľán, kun la rajdistaro Afšľár; Nabí Big, regimenta őefkuracisto, kun la rajdistaro de sia tribo, kaj fidela soldataro de Zanján, őiuj őí tiuj de antaŭtagiăo obstinege furiozis kontraŭ la laboroj de la bábanoj. La kontraŭstaro estis terura, sed malfeliőega. La kredantoj vidis fali unu post la alia őefojn, kiujn ili ne povis bone anstataŭigi, vigle kuraăaj őefoj, kaj laŭ ilia vidpunkto sanktuloj: Núr-`Alí, őasisto; Baňľšľ-`Alí, őarpentisto; Ňľudádád kaj Fatḥu'lláh Big, őiuj gravegaj al la Afero. Ili falis, kelkaj matene, aliaj vespere." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.200.)

[563] "Mi vidis en Zanján ruinojn de őí tiu severa tago; tutaj kvartaloj ankoraŭ ne ne estas rekonstruitaj kaj eble neniam estos rekonstruitaj. Certaj partoprenantoj en őí tiu tragedio rakontis al mi en la loko de la epizodo, ke la bábanoj supreniris kaj malsupreniris la terasojn portante en siaj brakoj kanonojn. Ofte la ne tre solida planko el batita tero profunde eniăis; oni rebonigis ăin, oni restarigis la kanonojn per la brakoj; oni subtenis la teron per traboj. Kiam la malamiko alvenis, la homamaso pasie őirkaŭis la kanonojn, kun őiuj brakoj eletenditaj por levi ilin, kaj kiam la portantoj falis sub la pafoferaŕaro, cent kunuloj konkuris por la boněanso anstataŭi ilin. Tio ja estas kredo." (Ibid., pp.200-201.)

barikado deknaŭ aliaj kunuloj estis postenigitaj kiel gardostarantoj, kies funkcio estis stari garde kaj raporti la movadojn de la malamiko.

Ili estis oftege surprizitaj per la voĉo de la anoncisto, kiun la malamiko sendis al la ĉirkaŭaĵo de la fortikaĵo por inklinigi ĝiajn okupantojn forlasi ḥujjaton kaj lian Aferon. "La guberniestro de la provinco," li ĉiam proklamis, "kaj la ĉefgeneralo ankaŭ, estas pretaj pardoni kaj promesi sendanĝeran vojaĝon al tiu, kiu ajn inter vi decidos foriri el la fortikaĵo kaj malkonfesi sian kredon. Tia viro estos ege rekompencita de sia suvereno, kiu, krom superŝuti lin per donacoj, havigos al li dignon de nobla ranko. Kaj la ŝaho kaj liaj reprezentantoj promesis je sia honoro ne forlasi la promeson, kiun ili faris." Al ĉi tiu voko la sieĝatoj unuvoĉe rediris malestimajn kaj decidigajn respondojn.

Plia atesto pri la spirito de nobla forrifuzo kuraĝiganta tiujn bravajn kunulojn estis donita de la konduto de vilaĝa junulino, kiu memvole partoprenis la sorton de la aro da virinoj kaj infanoj, kiuj kuniĝis kun la defendantoj de la fortikaĵo. Ŝia nomo estis Zaynab, ŝia hejmo eta vilaĝo proksime al Zanján. Ŝi estis gracia kaj belaspekta, flamigita de alta kredo, kaj dotita de sentima kuraĝo. La vido de la suferoj kaj malfacilaĵoj, kiuj ŝiaj kunuloj devis elporti, ekscitis en ŝi nesubpremeblan sopiron alivesti sin per viraj vestoj kaj helpi repuŝi la atakadojn de la malamiko. Surmetinte tunikon kaj portante kapveston saman al tiuj de siaj kunuloj, ŝi tondis siajn harojn, zonis sin per glavo, kaj, ekpreninte muskedon kaj ŝildon, enpuŝis sin en iliajn vicojn. Neniu suspektis ŝin esti junulino, kiam ŝi antaŭensaltis viciĝi malantaŭ la barikadon. Tuj kiam la malamikaro atakis, ŝi elingigis sian glavon kaj, laŭtigante la krion "Yá ṣáḥibu'z-Zamán!" ĵetis sin kun nekredebla sentimo sur la militistaron vicigitan kontraŭ ŝi. Amiko kaj malamiko miris en tiu tago pri tiaj kuraĝo kaj rimedopleneco, kies egalojn iliaj okuloj preskaŭ neniam vidis. Ŝiaj malamikoj deklaris ŝin malbeno, kiun kolera Providenco ĵetegis sur ilin. Premegitaj de malespero kaj forlasinte siajn barikadojn, ili forkuris en malhonora malvenko de antaŭ ŝi.

ḥujjat, kiu estis observanta la movadojn de la malamiko el unu el la turetoj, rekonis ŝin kaj miris pri la bravegeco, kiun tiu junulino elmontris. Ŝi jam ekiris postsekvi siajn atakantojn, kiam li ordonis al siaj viroj, ke ili ordonu ŝin reveni al la fortikaĵo kaj ĉesigi la provon. "Neniu viro," oni aŭdis lin diri, dum li vidis ŝin eniĝi en la pafadon celitan sur ŝin de la malamiko, "montris sin kapabla pri tiaj vivoforto kaj kuraĝo." Kiam li demandis ŝin pri la motivo de ŝia konduto, ŝi eklarmis kaj diris: "Mia koro doloris pro kompato kaj malĝojo, kiam mi vidis la laboregadon kaj suferojn de miaj kundisĉiploj. Mi antaŭeniris pro interna instigo, kiun mi ne povis kontraŭstari. Mi timis, ke vi rifuzus al mi la privilegion partopreni la sorton de miaj virkunuloj." "Ĉu vi estas ja tiu sama Zaynab," ḥujjat demandis al ŝi, "kiu proponis sin kuniĝi kun la okupantoj de la fortikaĵo?" "Mi estas," ŝi respondis. "Mi povas plenfide certigi al vi, ke neniu ĝis nun eltrovis mian sekson. Vi sola rekonis min. Mi solene petas vin je Báb ne deteni min de tiu netaksebla privilegio, la krono de martireco, la sola deziro de mia vivo."

ḥujjat profunde impresiĝis pro la stilo kaj maniero de ŝia alpeto. Li provis trankviligi la tumulton de ŝia animo, certigis ŝin pri siaj preĝoj pro ŝi, kaj donis al ŝi la nomon Rustam-`Alí kiel signon de ŝia nobla kuraĝo. "Ĉi tio estas la Tago de Revivigo," li diris al ŝi, "la tago, kiam 'ĉiuj sekretoj estos elesploritaj'.[564] Ne laŭ ilia ekstera aspekto, sed laŭ la karaktero de iliaj kredoj kaj la maniero de iliaj vivoj Dio juĝas siajn kreitaĵojn, ĉu viroj ĉu virinoj. Kvankam vi estas knabino junaĝa kaj naiva, tamen vi elmontris tiajn vivoforton kaj rimedoplenecon, kiujn malmultaj viroj esperus superi." Li plenumis ŝian peton, kaj avertis ŝin ne superi la limojn, kiujn ilia Kredo devigis sur ilin. "Ni estas vokitaj defendi niajn vivojn," li rememorigis ŝin, "kontraŭ perfidema atakanto, kaj ne faradi sanktan militon kontraŭ li."

Dum periodo de ne malpli, ol kvin monatoj, tiu junulino daŭris kontraŭstari per senegala heroeco la militistaron de la malamiko. Malestimante manĝaĵojn kaj dormon, ŝi laboregadis kun febra seriozeco por la Afero, kiun ŝi pleje amis. Per la ekzemplo de sia bonega kuraĝo ŝi vivigis la kuraĝon de tiuj malmultaj viroj, kiuj ŝanceliĝis, kaj rememorigis ilin pri la devo, kies plenumadon oni atendis de ĉiu. La glavo, kiun ŝi manuzis, restis tute tra tiu periodo ĉi ŝia flanko. Dum la mallongaj interspacoj de dormo, kiun ŝi povis akiri, oni vidis ŝin kaporipozantan sur ŝia glavo kaj ŝian ŝildon servantan kiel kovrilo por ŝia korpo. Ĉiu el ŝiaj kunuloj estis difinita al speciala posteno, kiun oni atendis lin gardi kaj defendi, dum tiu sentima junulino sola estis libera iri kien ajn ŝi deziris. Ĉiam en la mezo kaj antaŭaĵo de la tumulto, kiu furioziĝis ĉirkaŭ ŝi, Zaynab estis ĉiam preta kuregi savi kiun ajn postenon la atakanto estis minacanta, kaj helpi iun ajn el tiuj, kiuj bezonis aŭ ŝian kuraĝigon aŭ subtenon. Dum ŝia vivofino alproksimiĝis, ŝiaj malamikoj eltrovis ŝian sekreton, kaj, malgraŭ sia scio, ke ŝi estas junulino, daŭris timi ŝian influon kaj tremi ĉi ŝia alproksimiĝo. La akra sono de ŝia voĉo sufiĉis ekkonsterni iliajn korojn kaj plenigi ilin de malespero.

Unu tagon, vidinte, ke ŝiaj kunuloj estas neatendite ĉirkaŭitaj de la militistaro de la malamiko, Zaynab kuris malespere al ḥujjat kaj, ĵetegante sin ĉe liajn piedojn, petegis lin kun larmplenaj okuloj permesi al ŝi elkuri al ilia helpo. "Mi sentas, ke mia vivo estas finiĝonta," ŝi aldiris. "Eble mi mem falos sub la glavo de la atakanto. Pardonu, mi petas al vi, miajn pekojn, kaj propetu pro mi al mia Majstro, por kiu mi sopiras morti."

ḥujjat estis tro multe kaptita de emocio por respondi. Kuraĝigita de lia silento, kiun ŝi interpretis signifi, ke li konsentas plenumi ŝian alpeton, ŝi elsaltis tra la pordo kaj, laŭtigante sepfoje la krion "Yá ṣáḥibu'z-Zamán!" kuregis por haltigi la manon, kiu jam mortigis nombron da ŝiaj kunuloj. "Pro kio malpurigi pro viaj faroj la belan nomon de Islámo?" ŝi laŭtkriis, dum ŝi ĵetegis sin sur ilin. "Pro kio forkuri malnoble de antaŭ ni, se vi estas parolantoj de vero?" Ŝi kuris al la

[564] Korano, 96:9.

barikadoj starigitaj d la malamiko, frakase venkis tiujn, kiuj estis gardantaj la unuajn tri defendojn, kaj okupiĝis venkante la kvaran, kiam sub kugloplubo ŝi mortfalis sur la teron. Neniu voĉo inter ŝiaj kontraŭuloj kuraĝis dubi ŝian ĉastecon aŭ ignori la noblecon de ŝia kredo kaj la daŭrajn ecojn de ŝia karaktero. Tia estis ŝia sindono, ke post ŝia morto ne malpli ol dudek virinoj konataj de ŝi akceptis la Aferon de Báb. Al ili ŝi ĉesis esti la vilaĝanino, kiun ili konis; ŝi estis eĉ enkorpiĝo de la plej nblaj principoj de homa konduto, vivanta enkorpiĝo de la spirito, kiun nur tia Kredo, kia estis ŝia, povus elmontri.

La senditoj, kiuj deĵoris kiel perantoj inter ḥujjat kaj liaj kunuloj, estis unu tagon ordonitaj informi al la gardostarantoj de la barikadoj plenumi la ordonojn de Báb al siaj kunuloj kaj ripeti deknaŭfoje ĉiunokte ĉiun el la jenaj alvokoj: "Alláh-u-Akbar",[565] "Alláh-u-A`zam",[566] "Alláh-u-Ajmal",[567] „Alláh-u-Abhá",[568] kaj „Alláh-u-Athar".[569] En la sama nokto, kiam la ordono estis ricevita, ĉiuj defendantoj de la barikadoj kuniĝis laŭtkrii tiujn vortojn samtempe. Tiel laŭta kaj deviga estis tiu krio, ke la malamikoj estis malĝentile vekitaj el dormo, forlasis la tendaron pro timo, kaj rapidinte al la ĉirkaŭaĵo de la guberniestra loĝadejo, serĉis ŝirmon en la najbaraj domoj. Kelkaj tiel ege teruriĝis, ke ili tuj mortfalis. Sufiĉe granda aro de la loĝantoj de Zanján forkuris panikigitaj al la apudaj vilaĝoj. Multaj supozis tiun miregigan kriegon esti signo proklamanta la Juĝotagon; al aliaj ĝi signifis la elsendon fare de ḥujjat de nova alvoko, kiun, ili sentis, estus preludo al subita ofensivo kontraŭ ili pli terura, ol iu, kiun ili ankoraŭ treavivis.

"Kio okazus," oni aŭdis ḥujjaton rimarkigi, kiam oni informis lin pri la teruro, kiun tiu subita alpreĝo inspiris, "se mi estus permesita de mia Majstro faradi sanktan militon kontraŭ ĉi tiuj malkuraĝaj malboneguloj! Mi estas ordonita de Li ispiri en homajn korojn la nobligajn principojn de bonfaremo kaj amo, kaj deteni min de ĉiu nenecesa perforto. Mia celo kaj tiu de miaj kunuloj estas kaj ĉiam estos servi nian suverenon lojale kaj esti la bondezirantoj de lia popolo. Se mi elektus sekvi laŭ la paŝoj de la ulemoj de Zanján, dumvive mi restus celo de la sklavema adorado de ĉi tiu popolo. Neniam mi volos interŝanĝi por ĉiuj trezoroj kaj honoroj, kiujn ĉi tiu mondo povas doni al mi, la senmortan lojalecon, kiun mi sentas por Lia Afero."

La memoro pri tiu nokto ankoraŭ restadas en la mensoj de tiuj, kiuj travivis ĝian solenan timon kaj teruron. Mi aŭdis kelkajn vidintojn esprimi en flamaj vortoj la kontraston inter la tumulto kaj malrodo, kiuj regis en la tendaro de la malamiko, kaj la atmosfero de respektega sindono, kiu plenigis la fortikaĵon. Dum ĉiuj en la fortikaĵo estis alvokantaj la nomon de Dio kaj preĝantaj Liajn gvidadon kaj kompaton, iliaj kontraŭuloj, oficiroj kaj soldatoj egale, enprofundiĝis en agojn de diboĉo kaj honto. Kvankam ege ellacigitaj, tamen la okupantoj de la fortikaĵo daŭris observadi kaj psalmokanti tiujn antifonojn, kiujn Báb instruis al ili ripeti. La tendaro de la malamiko je tiu sama horo resonadis per brua ridado kun malbenoj kaj blasfemoj. Tiun nokton precipe, tuj kiam la alpreĝo sonoris, la diboĉemaj oficiroj, tenantaj siajn vinglasetojn en la manoj, lasis ilin fali tuj sur la teron kaj elkuregis senpripense nudpiedaj, kvazaŭ senkonsciigitaj de tiu plenvoĉa laŭtkrio. Vetludaj tabloj estis renversitaj meze de la malordo sekvanta. Duonvestitaj kaj nudkapaj, multaj elkuris en la dezerton, dum aliaj foriris rapide al la hejmoj de la ulemoj kaj vekis ilin el ilia dormo. Ege eltimigitaj, ĉi tiuj ekkriis siajn plej furiozajn parolatakojn unu kontraŭ la alia pro tio, ke ili ekbruligis la fajron de tiel granda malbono.

Tuj kiam la malamikaro eltrovis la celon de tiu laŭta bruegado, ili reiris al siaj postenoj recertigitaj, kvankam ege humiligitaj de sia travivo. La oficiroj ordonis certan nombron de siaj soldatoj embuski kaj pafi en ĉiun direkton, el kiu tiuj voĉoj denove devenus. Ĉiun nokton ili sukcesis tiamaniere mortigi nombron de la kunuloj. Nemalinstigitaj de la perdoj, kiujn ili senĉese suferis, la subtenantoj de ḥujjat daŭris laŭtigi kun nemalpliiĝanta fervoro sian alpreĝon, malestimante la danĝerojn, kiujn la preĝo supozigis. Dum ilia nombro malpliiĝis, tiu preĝo plilaŭtiĝis kaj akiris plian korŝirecon. Eĉ la proksimeco de morto estis senpova inklinigi la sentimajn defendantojn de la fortikaĵo forlasi tion, kion ili konsideris la plej noblan kaj plej potencan rememorigilon pri sia Amato.

La batalo estis ankoraŭ furiozanta, kiam ḥujjat sentis sin instigita skribi konumikon al ŝaho Náṣiri'd-Dín. "La regatoj de Via Imperiestra Moŝto," li skribis al li, "konsideras vin ambaŭe kiel sian mondan regaton kaj kiel la superan gardanton de sia Kredo. Ili alpetas vin por justeco, kaj konsideras vin kiel la superan protektanton de iliaj rajtoj. Nia polemiko unue rilatis nur al ulemojn de Zanján, kaj neniel implikis aŭ vian registaron aŭ vian popolon. Mi mem estis alvokita de via antaŭulo al ṭihrán kaj estis petita de li klarigi la fundamentajn pretendojn de mia Kredo. La mortinta ŝaho estis tute kontenta, kaj ege laŭdis miajn penojn. Mi iĝis rezigna forlasi mian hejmon kaj loĝi en ṭihrán, kun neniu alia inenco, ol malpliigi la furiozon, kiu furiozis ĉirkaŭ mi, kaj estingi la fajron, kiun la malbonfaremuloj ekbruligis. Kvankam libera reiri hejmen, tamen mi preferis resti en la ĉefurbo, tute fidante la justecon de mia suvereno. En la fruaj tagoj de via regado, dum la tumulto de Mázindarán ankoraŭ daŭris, la Amír-Niẓám suspektis min pri perfido kaj decidis detrui mian vivon. Trovinte neniun en ṭihrán, kiu povis protekti min, mi decidis memdefende forkuri al Zanján, kie mi rekomencis miajn laborojn kaj strebis ĉielpove antaŭenigi la veran intereson de Islámo. Mi estis daŭriganta mian laboron, kiam Majdu'd-Dawlih leviĝis kontraŭ mi. Kelkafoje mi alpetis lin uzi moderecon kaj justecon, sed li rifuzis plenumi mian

---

[565] "Dio la Granda."

[566] "Dio la Plej Granda."

[567] "Dio la Plej Bela."

[568] "Dio la Plej Glora."

[569] "Dio la Plej Pura."

peton. Instigite de la ulemoj de Zanján, kaj kuraĝigite de la flatado, per kiu ili superŝutis lin, li decidis aresti min. Miaj amikoj intervenis kaj provis haltigi lian manon. Li daŭris aksciti la loĝantojn kontraŭ mi, kaj ili siavice agis laŭ maniero, kiu kondukis al la nuna situacio. Via Moŝto ĝis nun detenis sin de montrado de via bonkora helpo al ni, kiuj estas senkulpaj viktimoj de tiel ega krueleco. Niaj malamikoj eĉ provis bildigi nian Aferon al Via Moŝto kiel konspiron kontraŭ via aŭtoritato. Certe ĉiu senantaŭjuĝa observanto volonte konfesos, ke ni konservas en niaj koroj nenian tian intencon. Nia sola celo estas antaŭenigi la plej bonajn interesojn de viaj registaro kaj popolo. Mi kaj miaj ĉefaj kunuloj estas pretaj foriri al Ţihrán, por ke ni povu en via ĉeesto, kiel ankaŭ en tiu de niaj ĉefaj kontraŭuloj, starigi la perfektecon de nia Afero."

Ne kontenta pri sia propra petskribo, li ordonis al siaj ĉefaj subtenantoj skribi similajn alpetojn al la ŝaho kaj emfazi lian peton por justeco.

Tuj kiam la sendito portanta tiujn petskribojn al Ţihrán ekvojaĝis, li estis kaptita kaj rekondukita en la ĉeeston de la guberniestro. Furiozigite de la ago de siaj kontraŭuloj, li ordonis tuj mortigi la senditon. Li detruis la petskribojn kaj anstataŭe skribis al la ŝaho leterojn, kiujn li ŝarĝis per insultoj kaj ofendoj, kaj, alskribinte la subskribojn de Ḥujjat kaj liaj ĉefaj kunuloj, sendis ilin al Ţihrán.

La ŝaho estis tiel indigna pri la tralego de ĉi tiuj insultemaj petskriboj, ke li ordonis tujan sendon de du regimentoj ekipitaj de pafiloj kaj municioj al Zanján, ordonante, ke neniu subtenanto de Ḥujjat estu permesita postvivi.

La novaĵo pri la martiriĝo de Báb dume atingis la premegitajn okupantojn de la fortikaĵo pere de Siyyid Ḥasan, frato de Siyyid Ḥusayn, diktaskribisto de Báb, kiu alvenis al Ádhirbáyján survoje al Qazvín. La novaĵo disvastiĝis inter la malamikoj kaj estis bonvenigita de ili kun laŭtkrioj de ĝojeco. Ili rapidis moki kaj ĵetegi siajn insultojn pri la penoj de Liaj aliĝintoj. "Pro kio," ili kriis en fierega malestimo, "vi de nun estos volontaj oferi vin? Tiu, sur kies vojo vi sopiras morti, mem viktimiĝis al la kugloj de triumfa malamiko. Lia korpo estas eĉ nun perdita kaj al liaj malamikoj kaj al liaj amikoj. Pro kio persisti en via malcedemo, se vorto sufiĉos liberigi vin el viaj mizeroj?" Kiom ajn ili strebis malfortigi la konfidon de la orfigita komunumo, ili malsukcesis fine inklinigi la plej malfortajn inter ili aŭ forlasi la fortikaĵon aŭ malkonfesi sian Kredon.

La Amír-Niẓám estis dume instiganta sian suverenon sendi pliajn plifortigojn al Zanján. Muḥammad Khán, la Amír-Túmán, estranta kvin regimentojn kaj ekipita de sufiĉe granda kvanto de armiloj kaj municioj, estis fine komisiita detrui la fortikaĵon kaj elmortigi ĝiajn okupantojn.

Dum la dudek tagoj, en kiuj malamikaĵoj estis interrompitaj, `Azíz Khán-i-Mukrí, alnomita Sardár-i-Kull, kiu estis survoje al Íraván pro militista komisio,[570] alvenis al Zanján kaj sukcesis konatiĝi kun Ḥujjat pere de sia gastiganto, Siyyid `Alí Khán. Ĉi tiu rakontis al `Azíz Khán la cirkonstancojn de kortuŝa intervjuo, kiun li havis kun Ḥujjat, post kiam li akiris ĉiujn informojn postulatajn rilate al la intencoj kaj proponoj de la sieĝatoj. "Se la registaro," Ḥujjat diris al li, "rifuzos konsideri mian alpeton, mi estos preta kun ĝia permeso foriri kun mia familio al loko preter la limoj de ĉi tiu lando. Se ĝi rifuzus plenumi eĉ tiun ĉi peton kaj persistos ataki min, ni sentus nin devigitaj leviĝi kaj defendi nin." `Azíz Khán certigis al Siyyid `Alí Khán, ke li ĉielpove faros ĉion por inklinigi la aŭtoritatulojn efiki rapidan solvon de ĉi tiu problemo. Tuj kiam Siyyid `Alí Khán foriĝis, `Azíz Khán estis surprizita de la farrásh[571] de la Amír-Niẓám, kiu venis aresti Siyyid `Alí Khánon kaj konduki lin al la ĉefurbo. Granda timo kaptis lin, kaj, por deturni ian suspekton de si, li komencis insulti Ḥujjaton kaj denunci lin malkaŝe antaŭ la farrásh. Tiamaniere li povis forpuŝi la danĝeron, kiu minacis lian propran vivon.

La alveno de la Amír-Túmán estis signalo por rekomenco de malamikaĵoj laŭ tioma grado, kiun Zanján neniam antaŭe travivis. Deksep regimentoj da kavalerio kaj infanterio rekolektiĝis al lia standardo, kaj batalis sub lia komando.[572] Ne malpli, ol dekkvar pafiloj estis ĉe liaj ordonoj celitaj kontraŭ la fortikaĵo. Kvin pliaj regimentoj, kiujn la Amír rekrutigis el la ĉirkaŭaĵo, estis disciplinataj de li kiel plifortigoj. Eĉ en la sama nokto, en kiu li alvenis, li ordonis, ke oni trumpetu signalon por rekomenci la atakon. La oficiroj estrantaj lian artilerion estis ordonitaj tuj ekpafi sur la sieĝatojn. La profunda sonado de la kanonoj, kiun oni povis aŭdi klare ĉe distanco de ĉirkaŭ dekkvar farsangoj[573] apenaŭ komenciĝis, kiam Ḥujjat ordonis al siaj kunuloj utiligi la du pafilojn, kiujn ili mem konstruis. Unu el ili estis transportita al alta loko super la ĉefsidejo de la Amír. Kuglo trafis lian tendon kaj morvundis lian ĉevalon. La malamiko estis dume celanta kun senkompata furiozo sian pafadon sur la fortikaĵon, kaj sukcesis mortigi grandan aron da ĝiaj okupantoj.

---

[570] Laŭ Gobineau (p.202), `Azíz Ňľán estis "őefgeneralo de la militistaro de Áďľirbáyján, kaj poste unua adjutanto de la reăo. Li transiris Zanjánon survoje al Tiflís por gratuli la őefdukan heredinton de Rusujo okaze de lia alveno en Kaůkazon.

[571] Vidu la Glosaron.

[572] "Muḥammad Ňľán, antaůe Biglíyirbigí kaj Mír-panj, aů generalo de divizio, poste Amír túmán, kuniăis kun la militistaro jam okupantaj la urbon; li alkondukis al ili trimil virojn de la regimentoj de Šľigágí, kaj de la gvardiaj regimentoj, poste ses kanonojn kaj du bombokanonojn. Preskaů samtempe eniris en Zanjánon per alia flanko Qásim Ňľán, veninte de la limo de Karabářľ; Arslán Ňľán, őefkuracisto regimenta, kun rajdistoj de Ňľirřľán, `Alí-Akbar, kapitano de Ňľúy, kun infanterio. Őiuj ricevis en siaj respektivaj landoj ordonojn de la reăo, kaj ili alkuris." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.201.)

[573] Vidu la Glosaron.

Dume fariĝis pli evidente, ke la militistaro sub komando de la Amír-Túmán, malgraŭ sia granda supereco en nombro, armilaro, kaj disciplino, estis senpova atingi la triumfon, kiun ili dolĉespere atendis. La morto de Farrukh Khán, filo de Yaḥyá Khán kaj frato de ḥájí Sulaymán Khán, unu el la generaloj de la armeo de la malamiko, ekscitis la indignon de la Amír-Niẓám, kiu skribis forte esprimitan komunikon al la supera oficiro, mallaŭdante lin pri lia malsukceso devigi la sieĝatojn al senkondiĉa cedo. “Vi makulis la belan nomon de nia lando”, li skribis al li, “senkuraĝigis la armeon, kaj forkonsumis la vivojn de ĝiaj plej kapablaj oficiroj.” Li estis ordonita devigi plej severan disciplinon inter siaj subuloj kaj purigi sian tendaron de ĉiu makulo de diboĉo kaj malvirto. Plie, li estis instigita konsiliĝi kun la ĉefoj de la loĝantoj de Zanján, kaj estis avertita, ke se li ne atingos sian celon, li estos malaltigita de sia rango. “Se viaj kunigitaj penoj,” li alskribis, “pruviĝos senpovaj devigi ilian submetiĝon, mi mem iros al Zanján, kaj ordonos masbuĉadon de ĝiaj loĝantoj, nekonsiderante ilian rangon aŭ kredon. Urbeto, kiu povas porti tiom da humiligo al la ŝaho kaj aflikton al lia popolo, tute malindas pardonemon de nia suvereno.”

En frenezo de malespero, la Amír-Túmán alvokis ĉiujn kad-khudáojn[574] kaj ĉefojn de la loĝantoj, montris al ili tekston de tiu letero, kaj per siaj fervoraj petegoj sukcesis eksciti ilin al tuja agado. La sekvintan tagon ĉiu fortika viro en Zanján varbiĝis sub la standardon de la Amír-Túmán. Estrata de siaj kad-khudáoj kaj antaŭata de kvar regimentoj, grandega homamaso marŝis laŭtakte kun brumuziko kaj tamburado al la fortikaĵo. Netimigitaj de ilia bruegado, la kunuloj de ḥujjat laŭtigis samtempe la krion “Yá ṣáḥibu’z-Zamán!” tiam ekeliris tra la pordoj kaj ĵetegis sin sur ilin. Tiu batalo estis la plej furioza kaj plej malespera, kiun oni ankoraŭ travivis. La plej fortikaj el la subtenantoj de ḥujjat falis en tiu tago, viktimoj de senkompata buĉado. Multaj filoj estis buĉitaj en cirkonstancoj de senbrida krueleco antaŭ siaj patrinoj, dum fratinoj rigardadis terure kaj angore la kapojn de siaj fratoj levitajn sur lancoj kaj brute difektitajn de la armiloj de siaj malamikoj. Meze de tumulto, en kiu la bruegema entuziasmo de la kunuloj de ḥujjat kontraŭstaris la furiozon kaj barbarecon de koleregigita malamiko, oni povis aŭdi de tempo al tempo la voĉojn de la virinoj, kiuj estis kunbatalantaj kun la viroj, kuraĝigantajn la fervoron de siaj kundisĉiploj. La venko mirakle atingita en tiu tago estis multe almetegla al la laŭtkrioj, kiuj akiris plian korŝirecon per iliaj propraj agoj de heroeco kaj sinofero. Alivestitaj kiel viroj, kelkaj alkuregis en sia avideco ruze anstataŭi siajn faligitajn fratojn, dum oni povis vidi la ceterajn portantajn sur la ŝultroj felsakojn plenajn de akvo, per kiu ili strebis moderigi la soifon, kaj revivigi la forton, de la vunditoj. Konfuzo regis dume en la tendaro de la malamiko. Senigitaj je akvo, kaj afliktitaj de mallojaliĝo en siaj vicoj, ili batalis malvenkigan batalon, senpovaj returnenmarŝi kaj senpovaj venki. Ne malpli, ol tricent kunuloj trinkegis en tiu tago la pokalon de martireco.

Unu el la subtenantoj de ḥujjat estis viro nomita Muḥsin, kies funkcio estis sonigi la adhánon.[575] Lia voĉo estis dotita de tiaj varmeco kaj riĉeco, kiajn neniu viro en la ĉirkaŭaĵo povis egali. Dum li alvokis la kredantojn al preĝo, la resonado klare sentiĝis ĝis la apudaj vilaĝoj, kaj penetris la korojn de tiuj, kiuj aŭdis ĝin. Ofte la adorantoj en tiu proksimeco, en kies oreloj sonoris la voĉo de Muḥsin, esprimis sian indignon pri la akuzoj de herezo imputitaj al ḥujjat kaj liaj amikoj. Tiel laŭtiĝis iliaj protestadoj, ke ili fine atingis la orelojn de la ĉefa mujtahid de Zanján, kiu, mem senpova trudsilentigi ilin, petegis al la Amír-Túmán elpensi iajn rimedojn por elradikigi el la mensoj de la loĝantoj tiun kredon je la pieco kaj justeco de ḥujjat kaj liaj kunuloj. “Tage kaj nokte,” li plendis, “mi strebas per miaj publikaj predikoj, ne malpli, ol per privataj interparoloj kun la loĝantoj, tiel inspiri en iliajn mensojn la konvinkon, ke tiu aĉa anaro estas malkaŝa malamiko de la Profeto kaj detruanto de Lia Kredo. La krio de tiu malbonulo Muḥsin rabas miajn vortojn je ilia influo kaj nuligas miajn penadojn. Ekstermi tiun mizeran aĉulon estas vere via unua devo.”

La Amír rifuzis unue akcepti lian alpeton. “Vi kaj viaj similuloj,” li respondis, “respondecas pri tio, ke vi deklaris la neceson faradi snaktan militon kontraŭ ili. Ni estas nur servantoj de la registaro, kaj nia devo estas obei la ordonojn, kiujn ni ricevas. Tamen, se vi provos finigi lian vivon, vi devos esti preta fari decan oferon.” La siyyid tuj komprenis la celon de la sludo de la Amír. Tuj kiam li reatingis sian domon, li sendis al li pere de sendito donacon de cent túmánoj.[576]

La Amír tuj ordonis la aro da siaj soldatoj, kiuj estis konataj pro sia paflerteco, atendi embuske Muḥsinon kaj pafmortigi lin dum li preĝos. Estis tagiĝo, kiam, dum li laŭtigis la krion “Lá Iláh-a-Illa’lláh”, kuglo trafis lian buŝon kaj tuj mortigis lin. Tuj kiam li informiĝis pri tiu kruela ago, ḥujjat ordonis al alia el siaj kunuloj supreniri la tureton kaj daŭrigi la preĝon komencitan de Muḥsin. Kvankam oni indulgis lin ĝis fino de la malamikaĵoj, tamen kune kun certaj el siaj fratoj li estis fine devigita suferi morton ne malpli kruelegan, ol tiun de sia kundisĉiplo.

Dum la finaj tagoj de la sieĝo estis alproksimiĝantaj, ḥujjat instigis al ĉiuj, kiuj estis fianĉoj, soleni sian edziĝon. Por ĉiu fraŭlo inter la sieĝatoj li elektis edzinon, kaj, per la rimedoj je sia dispono, kontribuis el sia propra monujo tion, kio ajn aldonus al la komforto kaj ĝojo de la ĵusedziĝintoj Li vendis ĉiujn juvelojn, kiujn lia edzino posedis, kaj per la mono provizis ĉion akireblan, kiu portus feliĉon kaj plezuron al tiuj, kiujn li edzigis. Dum pli ol tri monatoj ĉi tiuj festoj daŭris, festoj intermiksitaj kun la teruroj kaj malfacilaĵoj de ege plilongigita sieĝo. Kiel ofte la bruego de alproksimiĝanta malamiko supersonis la aklamadojn de ĝojo, per kiuj la novedziĝintoj salutis unu la alian! Kiel subite la voĉo de gajeco estis silentigita per la krio “Yá ṣáḥibu’z-Zamán!” kiu alvokis la kredantojn leviĝi kaj repuŝi la invadanton! Kun kia maemo la novedzino tiam petegis la novedzon resti pli longe apud ŝi, antaŭ ol li elkuregos por

[574] Vidu la Glosaron.

[575] Vidu la Glosaron.

[576] Vidu la Glosaron.

gajni la kronon de martireco! “Mi ne havas tempon,” li tiam respondis. “Mi devas rapidi por akiri la kronon de gloro. Ni certe renkontiĝos denove sur la bordoj de la granda Spiritlando, la hejmo de feliĉegiga kaj eterna reunuiĝo.”

Ne malpli ol ducent junuloj edziĝis dum tiuj tumultaj tagoj. Kelkaj dum monato, povis resti en la ĉeesto de siaj novedzinoj; kiam la tamburado anoncis la horon de lia foriro, neniu inter ili rifuzis respondi ĝoje al la alvoko. Ĉiu volonte oferis sin kiel oferaĵon al sia vera Amato; ĉiuj trinkis fine la pokalon de martireco. Ne estas mirinde, ke la loko, kiu estis la ejo de netakseblaj suferadoj kaj vidis tian heroecon, estis nomita de Báb, Arḍ-i-A`lá,[577] titolo, kiu restis por ĉiam kunigita kun Lia propra benita nomo.

Inter la kunuloj estis certa Karbilá’í `Abdu’l-Báqí, patro de sep filoj, kvin el kiuj ḥujjat edzigis. La edziĝaj ceremonioj apenaŭ finiĝis, kiam krioj de teruro subite anoncis la rekomencon de nova ofensivo kontraŭ ili. Ili ekstariĝis kaj, forlasinte siajn amatinojn, tuj elkuris por repuŝi la invadantojn. Ĉiuj kvin siavice mortfalis dum tiu batalo. La plejaĝa el ili, junulo ege estimata pro sia inteligenteco, kaj de bonkonata kuraĝo, estis kaptita kaj kondukita en la ĉeeston de la Amír-Túmán. “Kuŝigu lin sur la teron,” kriis la furiozigita Amír, “kaj ekbruligu sur lian bruston, kiu kuraĝis senti tiel grandan amon por ḥujjat, fajron, kiu forbruligos ĝin.” “Aĉulo,” ekkriis la netimigita junulo, “nenia flamo, kiun la manoj de viaj deĵorantoj povos ekbruligi, povus detrui la amon, kiu flamas en mia koro.” La laŭdado pri lia Amato daŭris sur liaj lipoj ĝis la lasta momento de lia vivo.

Inter la virinoj, kiuj distingiĝis per la persistemo de sia kredo, estis unu nomita Umm-i-Ashraf,[578] kiu estis ĵusedziniĝinta, kiam la ŝtormo de Zanján ekiĝis. Ŝi estis en la fortikaĵo, kiam ŝi naskis sian filon Ashraf. Kaj patrino kaj infano postvivis la masbuĉadon, kiu signis la finajn gradojn de tiu tragedio. Jarojn poste, kiam ŝia filo maturiĝis kiel junulo esperdona, li estis implikita en la persekutoj, kiuj afliktis liajn fratojn. Senpovaj inklinigi lin malkonfesi, liaj malamikoj penis timigi lian patrinon kaj konvinki ŝin pri la naceso savi lin de lia sorto, antaŭ ol estus tro malfrue. “Mi malkonfesos vin esti mia filo,” kriis la patrion, kiam oni kondukis ŝin antaŭ lin, “se vi inklinigos vian koron al tiel malbonaj flustradoj kaj permesos ilin deturni vin de la Vero.“ Fedela al la admonoj de sia patrino, Ashraf mortis kun sentima trankvilo. Kvankam mem rigardantino de la kruelecoj suferigitaj sur sian filon, tamen ŝi ne lamentis nek larmis. Ĉi tiu mirinda patrino montris tiajn kuraĝon kaj animfirmecon, ke ili mirigis la krimfarintojn de tiu senhonta faro. “Mi nun memoras,” ŝi ekkriis, dum ŝi adiaŭe ekrigardis la kadavron de sia filo, “la ĵurpromeson, kiun mi faris en via naskiĝtago, dum sieĝo en la fortikaĵo de `Alí-Mardán Khán. Mi ĝojas, ke vi, la sola filo, kiun Dio donis al mi, ebligis al mi plenumi tiun promeson.”

Mia plumo estas senpova priskribi, tiom malpli esprimi, decan laŭdon pri la brulanta entuziasmo, kiu brulis en tiuj bravaj koroj. Furiozaj kiel estis la ventoj de malbonsorto, ili estis senpovaj estingi ĝian flamon. Viroj kaj virinoj laboris kun nemalgrandigita fervoro por plifortikigi la defendojn de la fortikaĵo kaj rekonstrui tion, kion ajn la malamiko detruis. La libera tempo, kiun ili povis akiri, estis dediĉita al preĝo. Ĉiu penso, ĉiu deziro, estis subigita al la superega neceso gardi sian fortikaĵon kontraŭ la atakoj de la atakanto. La roli, kiun la virinoj ludis en tiuj funkcioj, ne estis malpli peniga, ol tiu plenumita de iliaj kunuloj. Ĉiu virino, nekonsiderante rangon aŭ aĝon, kuniĝis energie en la komuna tasko. Ili kurdis la vestojn, bakis la panon, flegis la malsanulojn kaj vunditojn, riparis la barikadojn, eligis el la kortoj kaj terasoj la kuglojn kaj pafaĵojn pafitajn sur ilin de la malamiko, kaj fine sed ne malpleje, kuraĝigis la malkuraĝulojn kaj vivigis la kredon de la ŝanceliĝantoj.[579] Eĉ la infanoj kuniĝis por doni kian ajn helpon ili povis al la komuna afero, kaj ŝajnis esti flamigitaj de entuziasmo ne malpli rimarkinda, ol tiu elmontrita de siaj gepatroj.

Tia estis la spirito de solidareco, kiu karakterizis iliajn laborojn, kaj tioma la heroeco de iliaj agoj, ke la malamiko estis igita kredi, ke ilia nombro estis ne malpli, ol dekmil. Estis ĝenerale alkonsentite, ke provizoj daŭre trovis sian vojon al la fortikaĵo per ia neklarigebla maniero, kaj ke novaj plifortigoj estis konstante sendataj el Nayríz, el Khurásán, kaj el Tabríz. La potenco de la sieĝatoj ŝajnis al ili tiel neskuebla, kiel ĉiam, kaj iliaj vivrimedoj neelĉerpeblaj.

La Amír-Túmán, koleregigite de ilia necedema persistemo kaj instigite de la reproĉoj kaj protestadoj de la aŭtoritatuloj en ṭihrán, decidis turni sin al la malnoblaj armiloj de perfidoj por postuli la tutan submetiĝon de la sieĝatoj.[580] Firme konvinkite pri la senutileco de siaj penoj kontraŭstari siajn kontraŭulojn honorinde, li ruye ordonis interrompon de malamikaĵoj, kaj publikigis raporton, ke la ŝaho decidis forlasi la tutan entreprenon. Li priskribis, ke lia suvereno eĉ de la komenco malaprobis la ideon doni sian subtenon al la militistaro, kiu batalis en Mázindarán kaj Nayríz, kaj ke li bedaŭregis la verŝadon de tiel multa sango pro tiel sensignifa afero. La loĝantoj de Zanján kaj la ĉirkaŭaj vilaĝoj estis igitaj kredi, ke ŝaho Naṣíri’d-Dín efektive ordonis al la Amír-Túmán trakti amikan kompromison de la decidotaĵoj inter si kaj ḥujjat, kaj ke estas lia intenco finigi kiel eble plej rapide tiun ĉi malfeliĉan aferostaton.

---

[577] “La Laůdegita Loko”, titolo donita al Zanján de Báb.

[578] “Patrino de Ašľraf.”

[579] “La őiuforta kontraůstaro de la bábanoj devas do esti atributita malpli al la forto de la loko de ili okupita, ol al la eksterordinara kuraăo, per kiu ili defendis sin. Eő la virinoj partoprenis la defendon, kaj mi poste aůdis de iu, kiu bone scias, ke ăuste kiel faris la kartageninoj antikvaj, tiel ankaů ili tondis siajn longajn harojn, kaj vindis ilin őirkaů la kadukaj pafiloj por doni al ili la necesan subtenon.” (“Jaro inter la Persoj,” de E.G. Browne, p.74.)

[580] “Definitive aferoj fariăis malbonaj por la mahometanoj, kaj ěajnis, ke oni neniam povus elfini tian kontraůstaron. Cetere, pro kio fari tiom da klopodo, pro kio riski vane la vivojn ne de la soldatoj kononbuőotaj, sed de la oficiroj kaj generaloj; pro kio elmeti sin őiutage al ridindeco kaj al danăero de sinsekvaj malvenkoj? Őu oni ne havas la ekyemplon de Shazkh ṭabarsí? Őu oni ne povus uyi ruyon? Őu oni ne povus fari őiajn ŕurojn imageblajn, riskante masbuői poste la stultulojn, kiuj fidis je ili?” (“Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb”, de A.L.M. Nicolas. p. 350.)

Certigite, ke la loĝantoj estis trompitaj per lia ruya intrigo, li redaktis alpeton por paco, en kiu li certigis ḥujjaton pri la sincereco de sia intenco atingi daŭran trakton inter si kaj liaj subtenantoj. Li sendis kun tiu deklaro sigelitan ekyempleron de la Korano kiel atestaĵon pri la sankteco de sia promeso. “Mia suvereno,” li alskribis, “pardonis vin. Per tio ĉi mi solene deklaras vin, kiel ankaŭ viajn sekvantojn, esti sub la protektado de Lia Imperia Moŝto. Ĉi tiu Libro de Dio estas mia atesto, ke, se iu el vi decidos elveni el la fortikaĵo, vi estos sendanĝera.”

ḥujjat respektege akceptis la Koranon de la sendito, kaj, tuj kiam li legis la alpeton, ordonis ĝian protinton informi al sia majstro, ke li sendos respondon dum la proksima tago. Tiun nokton li kunigis siajn ĉefajn kunulojn kaj parolis al ili pri la duboj, kiujn li sentis rilate al la sincereco de la deklaroj de la malamiko. “La perfidoj de Mázindarán kaj de Nayríz ankoraŭ vivas en nia memoro. Tio, kio estis krimfarita kontraŭ ili, la samon ili celos krimfari kontraŭ ni. Tamen, pro respekto al la Korano, ni respondos al ilia invito, kaj sendos al ilia tendaro aron da niaj kunuloj, por ke tiamaniere ilia trompeco estu malkaŝita.”

Mi aŭdis Ustád Mihr-`Alí-i-ḥaddádon, kiu postvivis la masbuĉadon de Zanján, rakonti la jenon: “Mi estis unu el la naŭ infanoj, neniu el kiuj havis pli ol dek jarojn, kiuj akompanis la delegitaron senditan de ḥujjat al la Amír-Túmán. La ceteraj estis viroj, kiuj havis pli ol okdek jarojn. Inter ili estis Karbilá’í Mawlá-Qulí-Áqá-Dádásh, Darvísh-ṣaláḥ, Muḥammad-Raḥím, kaj Muḥammad. Darvísh-ṣaláḥ estis plej impona viro, alta, blankbarba, kaj neordinare bela. Li estis ege estimata pro sia honorinda kaj justa konduto. Lia interveno pro la submetigitj konstante ricevis la konsideron kaj kunsenton de la koncernaj aŭtoritatuloj. Post sia konvertiĝo li forrifuyis ĉiujn honorojn, kiujn li ricevis, kaj kvankam ege maljuna, varbiĝis inter la defendantoj de la fortikaĵo. Li marŝis antaŭ ni portante la sigelitan Koranon dum ni estis kondukataj en la ĉeeston de la Amír-Túmán.

“Atiginte lian tendon, ni staris ĉe ĝia enirejo atendante liajn ordonojn. Al nia saluto li faris nenian respondon, kaj traktis nin kun videbla malestimo. Li lasis nin stari duonan horon, antaŭ ol li bonvolis alparoli nin laŭ maniero severe mallaŭda. ‘Pli malnoblajn kaj pli senhontajn personojn, ol vi,’ li kriis en fierega malestimo, ‘oni neniam vidis!’ Li ĵegegis siajn denuncojn al ni, kiam unu el la kunuloj, la plej maljuna kaj plej malforta inter ili, petegis permeson diri kelkajn vortojn al li, kaj akirinte lian permeson, parolis laŭ maniero, kvankam li estis needukita, kiu ne povis ne eksciti nian profundan admiron. ‘Dio scias,’ li pledis, ‘ke ni estas, kaj ĉiam estos, lojalaj kaj leĝosekvantaj regatoj de nia suvereno, kun nenia alia deyiro, ol antaŭenigi la verajn interesojn de liaj registaro kaj popolo. Ni estis dolorige falsreprezentitaj de niaj malbonvolantoj. Neniu el la reprezentantoj de la s1aho estis inklina protekti aŭ amike helpi nin; neniu troviĝis poor pledi nian Aferon antaŭ li. Ni ofte alpetis lin, sed li ignoris nian petegon kaj rifuzis aŭskulti al nia voko. Niaj malamikoj, kuraĝigitaj de la indiferenteco, kiu karakterizis la sintenadon de la ĉefaj aŭtoritatuloj, atakis nin el ĉiu flanko, rabis niajn havaĵojn, perforte seksmalhonorigis niajn edzinojn kaj filinojn, kaj kaptis niajn infanojn. Nedefendataj de nia registaro kaj ĉirkaŭitaj de niaj malamikoj, ni sentis nin devigitaj leviĝi kaj defendi niajn vivojn.’

“La Amír-Túmán turnis sin al sia leŭtnanto kaj demandis de li, kiun agon li konsilus al li. ‘Mi ne scias,’ la Amír aldiris, ‘kiel respondi al ĉi tiu viro. Se mi estus kore religia, mi senheyite akceptus lian aferon.’ ‘Nenio krom la glavo,’ respondis lia leŭtenanto, ‘liberigos nin el ĉi tiu abomeno de hereyo.’ ‘Mi ankoraŭ tenas la Koranon en la mano,’ intermetis sin Darvísh-ṣaláḥ, ‘kaj portas la deklaron, kiun vi memvole elektis fari. Ĉu la vortoj, kiujn ni ĵus aŭdis, estas rekompenco pro nia respondo al via alpeto?’

“La Amír-Túmán, ege furiozigita, ordonis, ke la barbo de Darvísh-ṣaláḥ estu elŝirita, kaj ke li kun ĉiuj kun li estu ĵetegitaj en subteran malliberejon. Mi kaj la ceteraj infanoj estis timigitaj, kaj provis forkuri. Laŭtigante la krion ‘Yá ṣáḥibu’z-Zamán!’ ni rapidis al niaj barikadoj. Kelkaj el ni estis kuratingitaj kaj malliberigitaj. Dum mi estis forkuranta, la viro sekvanta min ekprenis mian vestbordoeron. Mi deŝiris min de li kaj prosperis al mi atingi la pordon alkondukantan al la alirejo de la fortikaĵo, en stato de tuta ellaciĝo. Kiel granda estis mia surprizo, kiam mi vidis, kiel unu el la kunuloj, viro nomita Ímán-Qulí, estis sovaĝe vundegata de la malamiko. Mi teruriĝis dum mi regardadis tiun scenon, ĉar mi sciis, ke eĉ en tiu sama tago la ĉesigo de malamikaĵoj estis proklamita kaj la plej solenaj promesoj ĵuritaj, ke neniaj agoj de perforto estos farataj. Mi baldaŭ informiĝis, ke la viktimo estis perfidita de sia frato, kiu, pretekstante deziron paroli kun li, transdonis lin al liaj persekutantoj.

“Mi tuj rapidis al ḥujjat, kiu ameme akceptis min kaj, forviŝinte la polvon de mia vizaĝo, kaj vestinte min per novaj vestoj, invitis min eksidi apud lin kaj ordonis al mi rakonti la malfeliĉan sorton de liaj kunuloj. Mi priskribis al li ĉion, kion mi vidis. ‘Estas la tumulto de la Tago de Revivigo,’ li klarigis, ‘tia tumulto, kiun la mondo neniam antaŭe vidis. Ĉi tio esta la tago, en kiu “homo forkuros de sia frato, kaj de sia patrino kaj sia patro, kaj de sia edzino kaj siaj infanoj.”[581] Ĉi tio estas la tago, kiam homo, ne kontenta pri tio, ke li forlasis sian fraton, oferas sian havaĵon por verŝi la sangon de sia plej proksima parenco. Ĉi tio estas la tago, kiam “ĉiu patrino forlasos sian suĉinfanon; kaj ĉiu virino, kiu havos ŝarĝon en la utero, senŝarĝiĝos. Kaj vi vidos virojn ebriajn, sed ili ne estos ebriaj; sed tio estos la potenca punkoekto de Dio!”’”[582]

---

[581] Korano, 80:34

[582] Korano, 22:2.

Eksidiĝinte en la mezo de la maydán,[583] ḥujjat alvokis siajn sekvantojn. Ĉe ilia alveno li leviĝis kaj, starante rekta inter ili, parolis al ili la jenajn vortojn: "Bone plaĉas al mi viaj sentimaj penadoj, miaj amataj kunuloj. Niaj malamikoj celas al nia detruo. Ili kaŝas nenian alian deziron. Ilia intenco estis trompe elirigi vin el la fortikaĵo, kaj tiam buĉi vin senkompate laŭ sia kordeziro. Trovinte, ke ilia perfido estis malkaŝita, en la furiozo de sia kolerego ili malbone traktis kaj malliberigis la plej maljunan kaj plej junan inter vi. Estas klare, ke ĝis ili venkoprenos tiun ĉi furtikaĵon kaj dispelos vin, ĝis tiam ili ne senarmiĝos aŭ ĉesigos siajn persekutadojn kontraŭ ni. Via daŭra ĉeesto en ĉi tiu fortikaĵo fine igos vin esti kaptitaj de la malamiko, kiu certe seksmalhonorigos viajn edzinojn kaj mortigos viajn infanojn. Estos pli bone, do, ke vi forkuru noktomeze kaj konduku viajn edzinojn kaj infanojn kun vi. Ĉiu el vi trovu sendanĝeran lokon ĝis la tempo, kiam ĉi tiu tiraneco estu finita. Mi restos sola por kontraŭstari la malamikon. Estos pli bone. Ke mia morto moderigu ilian soifon, ol ke vi ĉiuj pereu."

La kunuloj tutprofunde kortuŝiĝis kaj kun larmplenaj okuloj deklaris sian firman decidon resti apud li ĝis la fino. "Ni neniam povos konsenti," ili ekkriis, "forlasi vin al la senkompato de sangavida malamiko! Niaj vivoj ne estas pli altvaloraj, ol via vivo, kaj niaj familioj ne havas pli noblan devenon, ol tiu de viaj parencoj. Kiu ajn afliktego ankoraŭ okazos al vi, tiun ni bonvenigos por ni."

Ĉiuj krom kelkaj restis fidelaj al sia promeso. Ĉi tiuj, senpovaj elporti la ĉiam pliiĝantan aflikton de plilongigita sieĝo, kaj kuraĝigitaj de la konsilo, kiun ḥujjat mem konsilis al ili, foriris al sendanĝera loko ekster la frotikaĵo, tiamaniere disiĝinte de siaj ceteraj kundisĉiploj.

Nervigtite al furioza decido, la Amír-Túmán ordonis al ĉiuj fortikaj viroj en Zanján kuniĝi en la ĉirkaŭaĵon de lia tendaro, pretaj ricevi liajn ordonojn. Li reorganizis la militistaron de siaj regimentoj, elektis iliajn oficirojn, kaj aligis ilin al la arego de novaj rekrutoj, kiuj amasiĝis en la urbeton. Li ordonis al ne malpli ol dekses regimentoj, ĉiu ekipita per dek pafiloj, marŝi kontraŭ la fortikaĵo. Ok el ĉi tiuj regimentoj estis ordonitaj ataki la fortikaĵon ĉiumatene, post kio la cetera militestaro anstataŭu ilin en ilia ofensivo ĝis alproksimiĝo de vespero. La Amír mem ekkomandis, kaj oni vidis lin ĉiumatene gvidanta la penojn de sia armeo, certiganta ilin pri la rekompenco pro ilia sukceso, kaj avertanta al ili pri la puno, kiun, okaze de malvenko, la suvereno suferigus sur ilin.

Dum unu tuta monato la sieĝo daŭris. Ne kontentaj pri atakoj tage, la malamiko kelkafoje atakis ilin nokte ankaŭ. La furiozo de iliaj atakoj, la subprema forto de ilia nombro, kaj la rapida sinsekvo de la atakoj, malpliigis la vicojn de la kunuloj kaj plimalbonigis ilian aflikton. Plifortigoj por la malamiko daŭris alvenadi el ĉiuj direktoj, dum la sieĝatoj malfortiĝis en stato de mizero kaj malsato.[584]

La Amír-Niẓám dume decidis fortikigi la aŭtoritaton de la Amír-Túmán per elekto de ḥasan-`Alí Khán-i-Karrúsí, kiu estis ordonita marŝi antaŭ du sunanaj regimentoj al Zanján. Lia alveno estis signalo por amasigo de la artilerio de la malamiko kontraŭ la fortikaĵo. Grandega bombardado minacis la konstruaĵojn per tuja detruo. Tio daŭris plurajn tagojn, dum kiuj la fortikaĵo staris firma malgraŭ la pliiĝinta fajro celita kontraŭ ĝi. Dum tiuj tagoj la amikoj de ḥujjat elmontris tiajn kuraĝon kaj lertecon, ke eĉ iliaj plej obstinegaj malamikoj devis ilin admiri.

Unu tagon dum la bombardado, kuglo trafis la dekstran brakon de ḥujjat dum li estis lavadata sin. Kvankam li ordonis sian servanton ne informi lian edzinon pri la vundo, kiu okazis al li, tamen tial ega estis la malĝojo de la viro, ke li estis senpova kaŝi sian emocion. Liaj larmoj evidentigis lian aflikton, kaj tuj kiam la edzino de ḥujjat sciiĝis pri la malutilo suferigita sur sian edzon, ŝi kuris aflikte kaj trovis lin enprofundiĝinta en preĝo en stato de serena trankvilo. Kvankam li multe sangadis pro sia vundo, tamen lia vizaĝo tenis sian esprimon de trankvila konfido. "Pardonu tiun ĉi popolon, ho Dio," oni aŭdis lin diri, "ĉar ili ne scias, kion ili faras. Kompatu ilin, ĉar nur tiuj, kiuj erarigis ilin, respondecas la malbonfarojn, kiujn la manoj de ĉi tiu popolo faris."

ḥujjat provis kvietigi la maltrankvilon, kiu kaptis liajn edzinon kaj parencojn ĉe vido de la sango kovranta lian korpon. "Ĝoju", li diris al ili, "pro tio, ke mi ankoraŭ estas kun vi kaj deziras vin esti rezignaj al la volo de Dio. Tio, kion vi nun vidas, estas nur guto kompare kun la oceano da afliktoj, kiuj elfluos je la horo de mia morto. Ko ajn estu Lia dekreto, estas nia devo kontentiĝi kaj kliniĝi al Lia volo."

Tuj kiam la novaĵo, ke li estas vundita, atingis la kunulojn, ili demetis siajn armilojn kaj rapidis al li. Dume, la malamiko, profitante la momentan foreston de siaj kontraŭuloj, duobligis sian atakon kontraŭ la fortikaĵo kaj sukcesis devigi sian trairon tra ĝia pordo.[585] Tiun tagon ili kaptis ne malpli ol cent el la virinoj kaj infanoj, kaj rabis ĉiujn iliajn posedaĵojn. Malgraŭ la severeco de tiu vintro, ĉi tiuj kaptitoj estis lasitaj ekstere dum ne malpli ol dekkvin tagoj kaj noktoj, en tiel akra malvarmo, kiun Zanján maloftege travivis. Vestitaj per plej maldikaj vestoj, kun neniaj ovriloj por protekti sin, ili estis forlasitaj en la dezerto sen manĝaĵoj kaj ŝirmo. Ilia sola protektaĵo estis la gazo kovranta iliajn

---

[583] Vidu la Glosaron.

[584] "Fine la minacoj el la kortego, la kuraăigoj kaj plifortigoj, intersekvis sin kun tia rapideco, ke iăis malegaleco tiel frakase grandega rilate al nombro kaj vivrimedoj inter la bábanoj kaj iliaj kontraŭuloj, ke la fina rezultato fariăis evidenta kaj tuj minace." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.203.)

[585] "La regimento de Karrús, komandata de la őefo de la tribo, ḥasan-`Alí Ňľán, nuntempe ministro en Parizo, perforte prenis la fortikaŕon de `Alí-Mardán Ňľán; la 4-a regimento perforte eniris en la domon de áqá `Azíz, unu el la plej fortikigitaj lokoj de la urbo, kaj polvigis ăin; la gardistara regimento eksplode detruis la karavanan loăejon lokitan proksime al la pordego de Hamadán; ili perdis kapitanon kaj sufiőe multajn soldatojn pro la eksplodo, sed restis fine majstro de la loko." (ibid., p.203.)

kapojn, per kiu ili provis vane ŝirmi la vizaĵojn kontraŭ la glacia vento, kiu blovis senkompate sur ilin. Amasoj da virinoj, la plimulto el kiuj estis malsuperaj al ili en socia rango, amasiĝis el la diversaj kvartaloj de Zanján al la loko de iliaj suferadoj kaj superŝutis ilin per malestimo kaj moko. "Vi nun trovis vian dion," ili ekkriis, dancante sovaĝe ĉirkaŭ ili, "kaj estas abunde rekompencitaj de li." Ili kraĉis sur iliajn vizaĝojn kaj superŝutis ilin per plej abomenaj parolatakoj.

Kvankam la kapto de la fortikaĵo rabis de la kunuloj de Ḥujjat ilian ĉefan defendilon, tamen tio ne povis aŭ timigi ilian spiriton aŭ malkuraĝigi iliajn penojn. Ĉiuj havaĵoj, kiujn la malamiko povis ekpreni, estis rabitaj, kaj tiuj virinoj kaj infanoj, kiuj estis sendefendaj, estis kaptitaj. La ceteraj kunuloj, kune kun la ceteraj virinoj kaj infanoj, amasiĝis en la domojn proksime al la loĝadejo de Ḥujjat. Ili estis dividitaj en kvin anarojn, ĉiu konsistanta el deknaŭoble deknaŭ kunuloj. El ĉiu el ĉi tiuj anaroj deknaŭ ĉiuokaze ekkuregis kune kaj, laŭtigante unuvoĉe la krion "Yá Ṣáḥibu'z-Zamán!" ĵetegis sin mezen de la malamikaro kaj sukcesis dispeli ĝian militistaron. La laŭtigitaj voĉoj de ĉi tiuj naŭdek kvin kunuloj ĉiam pruviĝis sufiĉaj paralizi la penojn kaj premigi la spiriton de iliaj atakantoj.

Ĉi tiu aferostato daŭris kelkajn tagojn, portante post si kaj humiligon kaj perdon al malamiko, kiu opiniis sin kapabla atingi tujan kaj rimarkindan triumfon. Multaj estis mortigitaj dum ĉi tiuj bataloj. Je la aflikto de siaj superuloj, oficiroj komencis forlasi siajn postenojn, la kapitanoj de la artilerio estis forlasantaj siajn pafilojn, dum la simpla soldataro senkuraĝiĝis kaj tute ellaciĝis. La Amír-Túmán mem estis laca pri la rimedoj de devigado, al kiuj li estis devigita turni sin por daŭrigi la disciplinon de siaj soldatoj kaj konservi nedifktitaj iliajn kapablecon kaj forton. Li estis devigita denove konsiliĝi kun la restaĵo de siaj oficiroj, kaj serĉi riskoplenan rimedon por stato ŝarĝita de granda danĝero al lia propra vivo, ne malpli, ol al tiuj de la loĝantoj de Zanján. "Mi estas laca," li konfesis, "pri la timiga kontraŭstaro de ĉi tiu popolo. Ili estas evidente vivigitaj de tia spirito, kian neniom da kuraĝigo de nia suvereno povas esperi veki en niaj soldatoj. Tian sinoferon certe neniu en la vocoj de nia armeo povas evidentigi. Nenia povo en mi povas veki miajn soldatojn el la ŝlimejo de malespero, en kiun ili falis. Ĉu ili triumfos aŭ malvenkos, ĉi tiuj soldatoj opinias sin esti kondamnitaj al eterna kondamno."

Iliaj longaj konsideroj rezultis en la decido elfosi subterajn trairejojn de la loko okupata de ilia tendaro al la loko sub tiu kvartalo, en kiu kla loĝejoj de la laiĝintoj de Ḥujjat estis lokitaj. Ili decidis eksplodigi tiujn ĉi domojn kaj tiamaniere devigi ilin al senkondiĉa cedo. Dum unu tuta monato ili laboris por plenigi tiujn ĉi subterajn trairejojn per ĉiuspecaj eksplodaĵoj, kja daŭris samtempe detrui kun diabla krueleco tiujn domojn, kiuj ankoraŭ restis starantaj. Dezirante akceli la detruan laboron, la Amír-Túmán ordonis al la oficiroj estrantaj lian artilerion pafceligi sian pafadon sur la loĝadejon de Ḥujjat, ĉar la konstruaĵoj inter tiu domo kaj la tendaro de la malamiko estis eldetruitaj ĝis la tero, kaj restis neniu plia malhelpo al ĝia fina detruo.

Parto de lia loĝejo jam disfalis, kiam Ḥujjat, kiu ankoraŭ loĝis interne de ĝiaj muroj, turnis sin al sia edzino Khadíjih, kiu estis tenanta en siaj brakoj Ḥádíon, ilia infaneto, kaj avertis ŝin, ke rapide alproksimiĝas la tago, kiam ŝi kaj ŝia infano eble estus kaptitaj, kaj ordonis al ŝi esti preta por tiu tago. Ŝi estis elkrianta sian aflikton, kiam kuglero trafis la ĉambron de ŝi okupitan, kaj mortigis ŝin tuj. Ŝia infano, kiun ŝi tenis ĉe la brusto, falis en la fajrujon apud ŝi, kaj baldaŭ poste mortis pro la vundoj, kkuujn li ricevis, en la domo de Mírzá `Abu'l-Qásim, la mujtahid de Zanján.

Kvankam ege malĝoja, tamen Ḥujjat rifuzis cedi al vana malĝojo. "La tagon, en kiu mi trovis Vian Amaton, ho mia Dio," li kriis, "kaj ekkonis en Li la Malkaŝanton de Via eterna Spirito, mi antaŭvidis la mizerojn, kiujn mi estus suferonta pro Vi. Grandaj kiel estis ĝis nun miaj malĝojoj, ili neniam povos kompari kun la angoroj, kiujn mi volonte suferus pro Via nomo. Kiel ĉ¸i tiu mia mizera vivo, la perdo de mia edzino kaj de mia infano, kaj la ofero de la anaro de miaj parencoj kaj kunuloj, povas kompari kun la benoj, kiujn la ekkono de Via malkaŝanto donis al mi! Ke miriado da vivoj estus miaj, ke mi posedus la riĉaĵojn de la tuta tero kaj ĝian gloron, por ke mi povu forlasi ilin memvole kaj ĝoje sur Via vojo."

La tragedia perdo, kiun ilia amata ĉefo suferis, kaj la aflikta vundo suferigita sur lin, afliktis la kunulojn de Ḥujjat kaj plenigis ilin de brulanta indigno. Ili decidis fari finan kaj furiozan penon venĝi la sangon de siaj buĉitaj fratoj. Tamen, Ḥujjat malkonsilis al ili fari tiun provon, kaj admonis al ili ne rapidigi la rezulton de la batalo. Li ordonis al ili rezigni al la volo de Dio kaj resti trankvilaj kaj firmaj ĝis la fino, kiam ajn tiu fino venus.

Dume, ilia nombro malpliiĝis, iliaj suferadoj multiĝis, kaj mallarĝiĝis la limoj, en kiuj ili povis senti sin sendanĝeraj. En la mateno de la kvina de la monato Rabí`u'l-Avval, en la jaro 1267 p.H.,[586], Ḥujjat kiu jam dum deknaŭ tagoj elportis la doloregon kaŭzita de lia vundo, estis Diservanta kaj sterniĝinta, alpreĝanta la nomon de Báb, kiam li subite mortis.

Lia subita morto venis kiel ega frapo al liaj parencaro kaj kunuloj. Ilia malĝojo pri la morto de tiel kapabla, tiel klara, kaj tiel inspira ĉefo, estis profunda; la perdo estis neriparebla. Antaŭ ol la malamiko sciiĝu pri lia morto, du el liaj kunuloj, Dín-Muḥammad-Vazír kaj Mír Riḍáy-i-Sardár, tuj entreprenis enterigi lian kadavron en loko, kiun nek lia parencaro nek liaj amikoj suspektus. Noktomeze la kadavro estis portita al ĉambro, kiu apartenis al Dín-Muḥammad-Vazír, kie ĝi estis enterigita. Ili detruis tiun ĉambron por certigi la maleblecon profani la kadavron, kaj pleje prozorgis konservi la sekretecon de la loko.

---

[586] 8. Januaro, 1851 p.Kr.

Pli ol kvincent virinoj, kiuj postvivis tiun teruran tragedion, tuj post la morto de ḥujjat kuniĝis en lian domon. Liaj kunuloj, malgraŭ la morto de sia ĉefo, daŭris kontraŭstari kun nemalpliiĝanta fervoro la militistaron de siaj atakantoj. El la granda homamaso, kiu amasiĝis al la standardo de ḥujjat, restis nur ducent fortaj viroj; la ceteraj aŭ mortis aŭ estis tute malkapabligitaj per la vundoj, kiujn ili reicevis.

La scio pri la forigo de tiel inspira ĉefo nervigis la malamikon al kontraŭstaro kaj decidigis ilin forigi tion, kio ankoraŭ restis el la timiga anaro, kiun ili estis senpovaj venki. Ili komencis ĝeneralan atakon pli furioyan kaj pli decidan, ol iu antaŭa atako. Viligite de tamburado kaj trumpetado, kaj kuraĝigite de la laŭtkrioj de aklamado laŭtigitaj de la vulgarularo, ili ĵetis sin sur la kunulojn kun senbrida furiozo, decidinte ne ripozi ĝis la tuta anaro estu eldetruita. Antaŭ ĉi tiu furioza atako la kunuloj laŭtigis denove la krion “Yá ṣáḥibu’z-Zamán!” kaj elkuregis nekonsternitaj por daŭrigi la heroan batalon ĝis ĉiuj el ili estis aŭ mortigitaj aŭ kaptitaj.

Tiu masbuĉado estis apenaŭ farita, kiam oni signalis rabadon senekzemplan laŭ amplekso kaj furiozo. Se la Amír-Túmán ne estus ordoninta, ke oni ne tuŝu la domon kaj apartenaĵojn de ḥujjat, kaj ke oni detenu sin de iaj agoj perfortaj kontraŭ lia parencaro, eĉ pli malnoblaj atakoj estus faritaj de lia gajnavida armeo. Lia intenco estis informi la aŭtoritatulojn en ṭihrán kaj peti de ili kiun ajn konsilon ili dezirus konsili al li. Tamen, li malsukcesis haltigi ĝisfine la spiriton de perforto, kiu vigligis liajn soldatojn. La ulemoj de Zanján, fieraj pri la venko, kiu postulis de ili tiajn penadon kaj vivoperdon, kaj kiu implikis je tiel senekzempla grado iliajn reputacion kaj prestiĝon, penadis inciti la vulgarularon fari ĉiun imageblan perforton kontraŭ la vivoj de iliaj kaptitoj kaj la honoro de ĉi ties virinoj. La gardostarantoj, kiuj gardis la enirejon de la domo, en kiu ḥujjat antaŭe loĝis, estis forpelitaj de siaj postenoj dum la ĝenerala tumulto sekvanta. La vulgarularo kuniĝis kun la armeo por rabadi la propraĵojn kaj ataki tiujn malmultajn personojn, kiuj ankoraŭ postvivis tiun memorindan batalon. Nek la Amír-Túmán nek la guberniestro povis moderigi la sopiron al rabado kaj venĝo, kiu kaptis la tutan urbeton. Ordo kaj disciplino ne ekzistis plu meze de la ĝenerala konfuzo.

Tamen ebliĝis al la guberniestro de la provinco inklinigi la oficirojn de la armeo kunigi la kaptitojn en la domon de certa ḥájí Ghulám kaj gardi ilin ĝis alveno de novaj instrukcioj el ṭihrán. Elmetitaj al la malvarmo de severa vintro, la tuta anaro kunamasiĝis kiel ŝafoj en tiu aĉa loko. La enfermitaĵo, en kiun ili restis amasigitaj, estis sentegmenta kaj sen mebloj. Kelkajn tagojn ili restis sen manĝaĵoj. El tie la virinoj estis transkondukitaj al la domo de mujtahid nomita Mírzá `Abu’l-Qásim, en la espero, ke li inklinigus ilin malkonfesi, - pro kio oni liberigus ilin. Tamen, la avida mujtahid, kun la helpo de siaj edzinoj, siaj fratinoj kaj filinoj, sukcesis kapti ĉion, kion oni permesis al ili kunporti kun si; senvestigis ilin, vestis ilin per plej malbonaj vestoj, kaj alproprigis al si kiujn ajn valoraĵojn li povis trovi inter iliaj apartenaĵoj.

Post kiam ili suferis nedireblajn malfacilaĵojn, ĉi tiuj kaptitaj virinoj estis permesitaj kuniĝi kun siaj parencoj, kondiĉe ke ĉi tiuj entreprenus plenan respondecon pri ilia estonta konduto. La ceteraj estis dispelitaj ĉien tra la ĉirkaŭajn vilaĝojn, kies loĝantoj, malsimile al la loĝantoj de Zanján, bonvenigis la novevenintojn per traktado samtempe korinklina kaj sincera. Tamen, la familio de ḥujjat estis detenita en Zanján ĝis alveno de novaj instrukcioj el ṭihrán.

Rilate al la vunditoj, oni gardis ilin ĝis tiam, kiam la aŭtoritatuloj en la ĉefurbo sendu ordonojn, kiel trakti ilin. Dume la severeco de la malvarmo, al kiu ili estis elmetitaj, kaj la kruelaĵoj, kiujn ili elsuferis, estis tiaj, ke post kelkaj tagoj ili ĉiuj pereis.

La ceteraj kaptitoj estis transkondukitaj de la Amír-Túmán al la regimentoj Karrúsí, Khamsih, kaj `Iráqí, kun ordonoj, ke ili estu tuj ekzekutitaj. Ili estis kondukitaj procesie, akompanataj de tamburado kaj trupetado, al la tendaro, en kiu la armeo estis postenigita.[587] Ĉiuj ĉi regimentoj kuniĝis por aldoni al la teruregoj faritaj kontraŭ la kompatindaj suferantoj. Armitaj per siaj lancoj, ili ĵetegis sin sur la sepdek ses kunulojn ankoraŭ restantajn, traborante kaj senmembrigante iliajn kadavrojn per tia sovaĝa senkompate, ke ĝi superegis la malbonajn farojn de eĉla plej kulturitaj turmentistoj de ilia gento. La spirito de venĝo, kiu en tiu tago superregis tiujn barbarojn, estis senlima. Regimento konkuris kontraŭ regimento por krimfari la plej abomenajn kruelegaĵojn, kiujn iliaj inventemaj mensoj povis elpensi. Ili preteĝis por eksurĵeti sin denove sur siajn viktimojn, kiam certa ḥájí Muḥammad-ḥusayn, patro de `Abá-Baṣír, ekstariĝis kaj,

[587] “Tiam Muḥammad Ňľán, Biglíyirbigí, Amír Arslán Ňľán, guberniestro, kaj la aliaj batalionestroj, kies promeso certigis al la bábanoj sendanĕeran vivon, kuniginte tiujn ői antaů la militistaron, trumpetadis kaj tamburadis, kaj ordonis, ke cent soldatoj elektitaj el őiu regimento kaptu la malliberulojn kaj aranău ilin laůvice. Poste oni ordonis masbuői tiujn personojn per senőesą uzo de la bajonetoj; kion oni faris. Tiam oni ekkaptis la őefojn, Sulaymán la ĕuisto, kaj ḥájí Káýim Giltúřľí, kaj oni pafis ilin el bombokanono. Ői tiu ago de azia deveno, kiu estis uzita de la anglaj aůtoritatuloj en la hinda revolucio kun tia supereco, kian sciado kaj komreno eůropaj alportas al őio, kion ili faras, konsistas el tio, ke oni firmligas la trumentaton al la tubo de pafilego ĕargita nur per pulvo; laů la kvanto ĕargita la eksplodo perforte disĕiras pli aů malpli grandamplekse la vundegitajn membrojn de la viktimo. Post tio oni denove apartigis la kaptitojn. Oni difinis Mírzá Riđáon, leůtenanto de Mullá Muḥammad-`Alí, tiam őiujn, kiuj havis ioman gravecon, kaj kateniginte tiujn ői malfeliőulojn őe la kolo kaj liginte iliajn manojn, oni decidis, malgraů la kontraůstaro de la kortego, forkonduki ilin al ṭihrán por pliigi la triumfon. Rilate al la malmultaj mizeruloj restantaj, kies vivo aů morto neniel gravis, oni forlasis ilin, kaj la venkinta armeo reiris en la őefurbon, trenante kun si siajn malliberulojn, kiuj marĕis antaů la őevaloj de la venkintaj generaloj. Koam oni alvenis al ṭihrán, la Amri-Nizam, őefministro, trovis, ke estas necese fari pluajn ekzemplojn, kaj kondamnitaj estis Mírzá Riđá, ḥájí Muḥammad-`Alí kaj ḥájí Muḥsin, al kiuj li ordonis, ke oni tranőu iliajn venojn. La tri kondamnitoj sciiăis pri ői tiu novaŕo sen emocio; tamen, ili deklaris, ke la manko de fideleco, kiun oni uzis kontraů iliaj kunuloj kaj kontraů ili, ne estis tiaj krimoj, ke la Plejaltulo kontentiăus puni ilin per punoj de ordinara justeco; necesa estas io pli solena kaj pli rimarkinda por la persekutantoj de Liaj sanktuloj; ili do anoncis al la őefministro, ke baldaů tre baldaů, li mem pereos per la sama turmento, kiun li suferigos sur ilin. Mi aůdis tiun antaůdiron cotitan; mi ne dubas eő unu momenton, ke tiuj, kiuj konigis ăin al mi, estis profunde konvinkitaj pri ăia realeco. Mi devas tamen rimarkigi ői tie, ke kiam oni raportis ăin al mi, almenaů kvar jaroj pasis de la tempo, kiam la venoj de la Amír-Niýám estis efektive tranőitaj laů la ordono de la reăo. Mi ne povas do certigi alie, ol tion, ke oni certigis al mi, ke la okazo estis anoncita de la martiroj de Zanjan.” (“Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio”, de la Comte de Gobineau, p.207-9.)

laŭtigante la vokon de la adhán,[588] ekscitis la popolamason, kiu amasiĝis ĉirkaŭ li. Kvankam mortonta, tamen tiomaj estis la fervoro kaj majesto, per kiuj li elsonis la vortojn "Alláh-u-Akbar",[589] ke la tuta regimento `Iráqí tuj proklamis sian rifuzon daŭrigi partoprenon en tiel hontindaj faroj. Forlasinte siajn postenojn, kaj laŭtigante la krion "Yá `Alí!" ili forkuris el tiu loko terurigitaj kaj naŭzitaj. "Malbenita estu la Amír-Túmán", oni aŭdis ilin ekkrii, dum ili deturnis sin de tiu sceno de sangoverŝo kaj teruro. "Tiu sĉulo trompis nin! Per diabla persistado li provis konvinki nin pri la mallojaleco de ĉi tiuj personoj al la Imám `Alí kaj al lia parencaro. Kvankam ni estu ĉiuj mortigitaj, tamen ni neniam konsentos helpi en tiuj krimfaroj."

Kelkaj el ĉi tiuj kaptitoj estis elpafitaj el fafiloj; aliaj estis senvestitaj, glacia akvo estis verŝita sur iliajn korpojn, kaj ili estis severe skurĝitaj. Ankoraŭ aliaj estis ŝmiritaj per melaso kaj lasitaj perei en la neĝo. Malgraŭ la honto kaj kruelaĵoj suferigitaj sur ilin, neniu el ĉi tiuj kaptitoj, kiom oni scias, aŭ malkonfesis aŭ eldiris eĉ unu koleran vorton kontraŭ siaj persekutantoj. Eĉ flustro de malkontento ne aŭdiĝis el iliaj lipoj, nek iliaj veyaĝoj elmontris signon de bedaŭro aŭ malĝojo. Neniom da malbonsorto sukcesis mallumigi la lumon, kiu brilis en tiuj viyaĝoj; neniaj vortoj, kiel ajn insultlaj, povis maltrankviligi la serenecon de iliaj vizaĝesprimoj.[590]

Tuj kiam la persekutantoj finis sian laboron, ili komencis serĉi la kadavron de ḥujjat, kies enterigan lokon la kunuloj atente kaŝis. La plej kruelaj turmentoj proviĝis senpovaj inklinigi ilin malsekretigi la identecon de tiu loko. La guberniestro, loleregigite de la malsukceso de sia serĉado, petis, ke la sepjara filo de ḥujjat, kies nomo estis ḥusayn, estu kondukita al li, por ke li provu inklinigi lin malkaŝi la sekreton.[591] "Mia filo," li diris, ameme karesante lin, "mi estas plena de malĝojo pro la scio pri ĉiuj afliktoj, kiuj estis la sorto de viaj gepatroj. Ne mi, sed la mujtahidoj de Zanján respondecu la abomenojn faritajn. Mi nun estas preta doni al la kadavro de via patro decan enterigon, kaj deziras kompensi pri la hontindaj faroj faritaj kontraŭ li." Per siaj amemaj aludoj li sukcesis igi la infanon malkaŝi la sekreton, kaj tuj post tio li sendis siajn soldatojn alporti la kadavron. Tuj kiam la objekto de lia deziro estis transdonita al li, li ordonis, ke ĝi estu trenata per ŝnuro tra la stratoj de Zanján kun tamburado kaj trumpetado. Dum tri tagoj kaj tri noktoj nedirblaj malutiloj estis verŝitaj sur la kadavron, kiu kuŝis malkaŝita antaŭ la okuloj de la loĝantoj en la maydán.[592] En la tria nokto oni raportis, ke rajdistaro sukcesis forporti la restaĵojn de la kadavro al sekura loko en la direkto de Qazvín. Rilate al la parencaro de ḥujjat, oni ricevis ordonojn el ṭihrán konduki ilin al Shíráz kaj transkonduki ilin al la guberniestro. Tie ili malfortiĝis en malriĉeco kaj mizero. Kiaj ajn posedaĵoj ankoraŭ restis al ili, la guberniestro ekprenis ilin por si, kaj kondamnis la viktimojn de sia rabemo serĉi ŝirmon en ruinigita domo. La plej juna filo de ḥujjat, Mihdí, mortis pro la manksuferoj, kiujn oni suferigis sur lian familion, kaj li estis enterigita meze de la ruinoj, kiuj servis kiel lia ŝirmejo.

Naŭ jarojn post la fino de tiu memorinda batalo mi estis privilegiita viziti Zanjánon kaj vidi la lokon de tiuj teruraj buĉadoj. Mi vidis kun malĝojo kaj teruro la ruinojn de la fortikaĵo de `Alí-Mardán Khán, kaj paŝis sur la tero saturita de la sango de ĝiaj senmortaj defendantoj. Mi povis vidi sur ĝiaj pordoj kaj muroj postsignojn de la buĉado, kiu signis ĝian cedon al la malamiko. Kaj povis eltrovi sur tiuj samaj ŝtonoj, kiuj servis kiel barikadoj, makulojn de la sango, kiu estis tiel superflue verŝita en ti ĉirkaŭaĵo.

Rilate al la nombro de tiuj, kiuj mortfalis dum ĉi tiuj bataloj, oni ankoraŭ ne faris ĝustan takson. Tiel multnombraj estis tiuj, kiuj partoprenis tiun batalon, kaj tiel plilingigita la sieĝo, kiun ili kontraŭstaris, ke certiĝi pri iliaj nomoj kaj nombro estus tasko, kiun mi hezitus entrepreni. Prova listo de tiuj nomoj, kiujn oni profitus legi, estis preparita de Ismu'lláhu'l-Mím kaj Ismu'lláhu'l-Asad. Multaj kaj konfliktaj estas la raportoj rilate al la preciza nombro da tiuj, kiuj batalis kaj mortfalis sub la standardo de ḥujjat en Zanján. Kelkaj taksis, ke vere estis mil martiroj; laŭ aliaj, ili estis pli nombraj. Mi aŭdis deklaron, ke unu el la kunuloj de ḥujjat, kiu entreprenis enskribi la nomojn de tiuj, kiuj suferis martiriĝon, lasis skribitan deklaron, en kiu li kalkulis la nombron de tiuj, kiuj mortfali antaŭ la morto de ḥujjat, esti mil kvincent kaj naŭdek ok, dum tiujn, kiuj suferis martiriĝon poste, oni kalkulis esti ducent kaj du personoj.

Pro la historio, kiun mi raknotis pri la okazoj de Zanján, mi plej multe ŝuldas al Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-ṭabíb-i-Zanjání, al `Abá-Baṣír, kaj al Siyyid Ashraf, ĉiuj martiroj de la Kredo, ĉiun el kiuj mi bone konis. La cetero el mia historio baziĝas sur la manuskripto, kiun certa Mullá ḥusayn-i-Zanjání skribis kaj sendis al Bahá'u'lláh, en kiu li skribis ĉiujn informojn, kiujn li povis havigi el diversaj fontoj rilate al la okazaĵoj rilatantaj tiun epizodon.

---

[588] Vidu la Glosaron.

[589] "Dio estas Plaj Granda."

[590] "Post la ekyekuto, la rigardantoj invadis la mortokampon, kelkaj por serői kaj enerigi la kadavron de amiko, aliaj instigitaj de malsana scivolo. Oni rakontas, ke mahometano nomita Valí-Muḥammad alvenis proksime al la kadavro de unu el siaj najbaroj nomita áqá Riđá, kaj ekrimarkis, ke li ne tute estas mortinta. Li vokis lin kaj diris al li: 'Se vi deziras ion, diru al mi, mi estas via najbaro Valí-Muḥammad.' La alia komprenigis al li, ke li soifas. Tuj nia mahometano iris serői grandegan ĕtonon kaj, reveninte al la malfeliőulo: 'Malfermu la buĕon,' li diris al li, 'mi alportas akvon al vi', kaj kiam ői tiu obeis, li dispremis lian kapon.Fine la Biglíyirbigí ekvojaăis al ṭihrán kondukante kun si 44 malliberulojn, inter kiuj troviă̧is la filo de Mírzá Riđá, ḥájí Muḥammad-`Alí, ḥájí Muḥsin la űirurgiisto. Tiuj tri personoj estis ekzekutitaj tuj őe la alveno, kaj la ceteraj putriăis en malliberejo." ("Siyyid `Alí-Muḥammad alnomita Báb", de A.L.M. Nicolas. p. 363.)

[591] "Ne sufiőis al ili esti venkintoj, ili devis insulti la kadavron de sia malamiko. Oni pripensis demandi al la bábanoj, sed, kiel ajn estis la turmentoj suferigitaj sur ilin, ili malkonsentis paroli. Oni verĕis bolantan oleon sur la kapon de áqá Dín-Muḥammad, sed li mortigis sin. Fine la Sardár venigis la filon mem de la mortinga őefo, sepjaran kaj nomitan áqá ḥusayn. Per lertaj minacoj kaj insidaj flataŕoj li fine sukcesis paoligi lin." (ibid. p.361.)

[592] Vidu la Glosaron.

Tio, kion mi rakontis pri la batalo de Mázindarán, estis same inspirita grandparte de la skribita priskribo sendita al la Sankta Lando de certa Siyyid Abú-ṭálib-i-Shahmírzádí, kiel ankaŭ de la mallonga priskribo preparita ĉi tie de unu el la kredantoj nomita Mírzá ḥaydar-`Alíy-i-Ardistání. Plie, mi certiĝis pri certaj faktoj rilatantaj tiun batalon de personoj, kiuj efektive partoprenis ĝin, kiel Mullá Muḥammad-ṣádiq-i-Muqaddaṣ, Mullá Mírzá Muḥammad-i-Furúghí, kaj ḥájí `Abdu'l-Majíd, patro de Badí` kaj martiro de la Kredo.

Rilate al la okazintaĵoj rilatantaj la vivon kaj farojn de Vaḥíd, mi akiris miajn informojn pri tio, kio okazis en Yazd, de Riḍá'r-Rúḥ, kiu estis unu el liaj intimaj kunuloj. Rilate al la postaj gradoj de tiu batalo en Nayríz, mia historio estas ĉefe elĉerpita el la informoj, kiujn mi povis kolekti el la detala priskribo sendita al la Sankta Lando de kredanto de tiu urbeto, nomita Mullá Sháfí`, kiu atente esploris la aferon kaj raportis ĝin al Bahá'u'lláh. Kion aljn mia plumo preterlasis skribi, tion, mi esperas, estontaj genereacioj kolektos kaj konservos por la posteularo. Multaj, mi konfesas, estas la malplenaĵoj en ĉi tiu historio, pro kio mi petas la iindulgon de miaj legantoj. Estas mia sincera espero, ke ĉi tiuj malplenaĵoj estu plenigitaj de tiuj, kiuj post mi leviĝos por komili plenan kaj decan priskribon pri ĉi tiuj kortuŝaj okazintaĵoj, kies signifon ni ankoraŭ nur malklare konstatas.

## *Ĉapitro XXV*
## *La Vojaĝo de Bahá'u'lláh al Karbilá*

De kiam mi komencis verki mian historion, estis mia firma intenco enskribi en tiuj raportoj, kiujn mi povus rakonti pri la fruaj tagoj de ĉi tiu Revelacio, tiujn gemojn netakseble valorajn, kiujn estis mia privilegio aŭdi de tempo al tempo el la lipoj de Bahá'u'lláh. Tiujn ĉi vortojn, kelkaj el kiuj estis parolitaj nur al mi, aliaj, kiujn mi ĝuis kune kun miaj kundisĉiploj dum ni sidis en Lia ĉeesto, ĉefe rilatas al la samaj epizodoj, kiujn mi provis priskribi. La komentoj de Bahá'u'lláh pri la konferenco de Badasht, kaj Liaj aludoj al la tumulto, kiu signis ĝiajn finajn gradojn, al kiuj mi aludis en antaŭa ĉapitro, estas nur ekzemploj pri la eltiraĵoj, per kiuj mi esperas riĉigi kaj nobligi mian historion.

Fininte la priskribon de la batalo de Zanján, mi estis kondukita en Lian ĉeeston, kaj kune kun aro de aliaj kredantoj, ricevis la benojn, kiujn Li dufoje bonvolis doni al ni. Ambaŭ vizitoj okazis dum la kvar tagoj, dum kiuj Bahá'u'lláh elektis resti en la hejmo de Áqáy-i-Kalím. En la dua kaj kvara noktoj post Lia alveno al la domo de Lia frato, kiu okazis la sepan tagon de la monato Jamádíyu'l-Avval, en la jaro 1306 p.H.[593], mi, kune kun aro da pilgrimantoj el Sarvistán kaj Fárán, kiel ankaŭ kelkaj kredantoj de la urbeto, estis kondukita en Lian ĉeeston. La vortoj, kiujn Li parolis al ni, estas por ĉiam gravuritaj sur mia koro, kaj mi sentas, ke estas mia devo al miaj legantoj konfidi al ili la esencon de Lia parolado.

„Laŭdoj estu al Dio," Li diris, „pro tio, ke, kio ajn estas necesa diri al la kredantoj en ĉi tiu Revelacio, tio estas malkaŝita. Iliaj devoj estas klare difinitaj, kaj la faroj, kiujn oni atendas ilin plenumi, estas klare prezentitaj en Nia Libro. Nun estas la tempo, kiam ili |leviĝu kaj plenumu sian devon. Ili plenumu la admonojn, kiujn Ni admonis al ili. Ili atentu, por ke la amo, kiun ili sentas al Dio, ami, kiu flamas tiel brile en iliaj koroj, ne igu ilin transpaŝi la limojn de modereco, kiujn Ni difinis al ili. Rilate al ĉi tiu afero, Ni skribis jene al ḥájí Mírzá Músáy-i-Qumí dum Ni estis en Irako: 'Tia estu via sindeteno, ke, eĉ se oni devigu al vi trinkegi el la fontoj de kredo kaj certeco ĉiujn riverojn de sciado, viaj lipoj neniam estu permesitaj evidentigi al amiko aŭ nekonato la mirindecon de la trinkaĵo, kiun vi trinkis. Kvankam via koro flamu pro Lia amo, tamen atentu, por ke neniu okulo eltrovu vian internan maltrankvilon, kaj kvankam via animo ondadu kiel oceano, tamen ne permesu, ke la sereneco de via vizaĝo estu maltrankviligita, nek la maniero de via konduto malkaŝu la profundecon de viaj emocioj.

"Dio scias, ke neniam Ni provis kaŝi nin nek kaŝi la Aferon, kiun Ni estas ordonitaj proklami. Kvankam Ni ne portas vestojn klerulajn, tamen Ni tempon post tempo ĉeestis kaj rezonis kun viroj de ega klereco en Núr kaj Mázindarán, kaj sukcesis konvinki ilin pri la vero de ĉi tiu Revelacio. Ni neniam pro timo detiris nin de Nia decido; Ni neniam hezitis akcepti la disputon, el kiu ajn direkto ĝi venis. Al kiu ajn Ni parolis en tiuj tagoj, tiun Ni trovis impresig1ema pri Nia Alvoko kaj preta dediĉi sin al ĝiaj ordonoj. Se ne estus pro la hontinda konduto de la anoj de la Bayán, kiuj makulis per siaj faroj la laboron, kiun Ni faris, Núr kaj Mázindarán estus tute allogitaj al ĉi tiu Afero kaj estus jam enkalkulitaj inter ĝiaj ĉefaj fortikaĵoj.

"En la tempo, kiam la militistaro de princo Mihdí-Qulí Mírzá sieĝis la fortikaĵon de ṭabarsí, Ni decidis foriri el Núr kaj helpi ĝiajn heroajn defendantojn. Ni intencis antaŭsendi `Abdu'l-Vahhábon, unu el Niaj kunuloj, kaj peti lin anonci Nian alproksimiĝon al la sieĝatoj. Kvankam ĉirkaŭitaj de la militistaro de la malamiko, tamen Ni decidis partopreni la sorton de tiuj neŝanceleblaj kunuloj, kaj riski la danĝerojn, per kiuj ili estis kontraŭstarataj. Tamen, ĉi tio ne estis dekretita. La mano de Ĉiopovo savis Nin de ilia sorto kaj konservis Nin por la laboro, kiun |Ni destinis plenumi. Sekve de la nedivenebla saĝeco de Dio, antaŭ ol Ni alvenos al la fortikaĵo, Nia intenco estis komunikita de certaj loĝantoj de Núr al Mírzá Taqí, la guberniestro de Ámul, kiu sendis siajn soldatojn haltigi Nin. Dum Ni estis ripozantaj kaj trinkantaj Nian teon, Ni trovis nin subite ĉirkaŭitaj de rajdistaro, kiu kaptis Niajn havaĵojn kaj Niajn ĉevalojn. Interŝanĝe por Nia propra ĉevalo oni donis al Ni malbone selitan beston, kiun Ni trovis ege nekomforta rajdi. La ceteraj el Niaj kunuloj

[593] 9. Januaro, 1889 p.Kr.

estis kondukitaj katenigitaj al Ámul. Malgraŭ la tumulto estigita de Nia alveno kaj la kontraŭstaro de la ulemoj, Mirzastaro de la ulemoj, Mírzá Taqí sukcesis liberigi Nin el ilia kapto kaj konduki Nin al sia propra domo. Li montris al Ni plej varman gastamon. Kelkafoje li cedis al la daŭraj postuloj de la ulemoj, kaj trovis sin senpova venki iliajn provojn malutili Nin. Ni estis ankoraŭ en lia domo, kiam la Sardár, kiu kuniĝis kun la armeo en Mázindarán, revenis al Ámul. Tuj kiam li informiĝis pri la indignindaĵoj, kiujn Ni suferis, li riproĉis Mírzá Taqíon pri la malforteco rilate al protekto por Ni kontraŭ Niaj malamikoj. »Pro kio estas gravaj« li indigne demandis, »la denuncoj de ĉi tiu nesianta popolo? Pro kio vi permesis vin esti influita de ilia bruegado? Vi devus esti kontenta malebligi la anaron atingi sian vojaĝocelon, kaj, anstataŭ deteni ilin en ĉi tiu domo, vi estus devinta aranĝi ilian sendanĝeran kaj tujan reiron al ṭihrán«.

Dum Ni estis en Sárí, Ni estis denove elmetiataj al la insultoj de la popolo. Kvankam la altranguloj de tiu urbeto estis plejparte Niaj amikoj kaj kelkafoje renkontis Nin en ṭihrán, tuj kiam la urbanoj rekonis Nin dum Ni iris kun Quddús tra la stratoj, ili komencis ĵetegi siajn parolatakojn sur Nin. La krio »Babano! Babano!« salutis Nin kien ajn Ni iris. Ni estis senpovaj eviti iliajn amarajn denuncojn.

En ṭihrán Ni estis dufoje malliberigitaj pro tio, ke Ni leviĝis por defendi la aferon de la senkulpuloj kontaŭ senkompata subpremanto. La unua malliberiĝo, al kiu Ni estis subigitaj, sekvis la mortigon de Mullá | Taqíy-i-Qazvíní, kaj estis okazigita de la helpo, kiun Ni sentis nin instigitaj doni al tiuj, sur kiujn severa puno estis nemeritite suferigita. Nia dua malliberiĝo, multege pli severa, estis rapidigita de la ateneo, kiun nerespondecaj sekvantoj de la Kredo faris kontraŭ la vivo de la ŝaho. Tiu okazintaĵo kaŭzis Nian ekzilon al Baghdád. Baldaŭ post Nia alveno Ni foriris al la montj de Kurdistán, kie Ni dum tempospaco vivis en tuta soleco. ni serĉis ŝirmon sur la pinto de malproksima monto, kiu kuŝis ĉe distanco de ĉirkaŭ tri tagoj de la plej proksima homa loĝejo. Tute mankis la komfortoj de vivo. Ni restis tute izolaj de Niaj kunhomoj ĝis certa Shaykh Ismá'íl eltrovis Nian loĝejon kaj alportis al Ni la bezonatajn manĝaĵojn.

Post Nia reiro al Baghdád, je Nia granda surprizo Ni trovis, ke la Afero de Báb estis dolore nezorgita, ke ĝia influo malkreskis, ke eĉ ĝia nomo preskaŭ eniĝis en forgeson. Ni leviĝis por revivigi Lian Aferon kaj savi ĝin de putriĝo kaj korupto. En la tempo, kiam timo kaj konfuzo forte ekkaptis Niajn kunulojn, Ni repretendis sentime kaj decide ĝiajn esencajn verojn, kaj alvokis ĉiujn, kiuj varmetiĝis, alpreni entuziasme la Kredon, kiun ili tiel dolorige malprizorgis. Ni elsendis Nian alpeton al la popoloj de la mondo, kaj invitis ilin rigardadi la lumon de Lia Revelacio.

Post Nia foriro el Adrianopolo, diskuto ekiĝis inter la registaraj altranguloj en Konstantinopolo, ĉu Ni kaj Niaj kunuloj ne estu ĵetitaj en la maron. La raporto pri tiu diskuto antingis Persujon, kaj kaŭzis famon, ke Ni efektive suferis tiun sorton. En Khurásán precipe Niaj amikoj estis ege malkvietigitaj. Tuj kiam li informiĝis pri ĉi tiu novaĵo, Mírzá Aḥmad-i-Azghání laŭdire asertis, ke nenial li povus kredi tiun famon. »La Revelacio de Báb«, li diris, »se ĉi tio estas vera, devas esti konsiderita kiel tute senfundamenta.« La novaĵo pri Nia sendanĝera alveno en la malliberejan urbon Aĥor ĝojigis la korojn de Niaj amikoj, profundigis la admiron de la kredantoj de Khurásán por la kredo de Mírzá Aḥmad, |kaj pliigis ilian konfidencon je li.

El Nia Plej Granda Malliberejo Ni sentis nin instigitaj skribi Epistolojn al la diversaj regantoj kaj reĝoj de la mondo, en kiuj Ni alvokis ilin leviĝi kaj akcepti la Aferon de Dio. Al la ŝaho de Persujo Ni sendis Nian senditon Badí', al kiu Ni konfidis la Tabuleton. Estis li, kiu levis ĝin altan antaŭ la okuloj de la  popolamaso kaj laŭtvoĉe alpetis sian suverenon atenti la vortojn en tiu Tabuleto. La ceteraj Epistoloj ankaŭ atingis sian celon. Al la Tabuleto, kiun Ni skribis al la imperiestro de Francujo, Ni ricevis de lia ministro respondon, kies originalo estas nun en la posedo de Plej Granda Branĉo.[594] Al li Ni skribis la jenajn vortojn : »Ordonu al la ĉefpastro, ho monarko de Francujo, ke li ĉesigu sonorigi siajn sonorilojn, ĉar, jen! la Plej Granda Sonorilo, kiun la manoj de la volo de la Sinjoro, via Dio, sonorigas, estas malkaŝita en la persono de Lia Elektito.« Nur la Epistolo, kiun Ni skribis al la caro de Rusujo, malsukcesis atingi sian celon. Tamen, aliaj Tabuletoj atingis lin, kaj tiu Epistolo estos fine transdonita al li.

Estu dankemaj al Dio pro tio, ke Li ebligis al vi ekkoni Lian Aferon. Kiu ajn ricevis tiun ĉi benon, antaŭ lia akcepto devis plenumi ian faron, kiu, kvankam li mem ne komprenis ĝian karakteron, tamen estis ordonita de Dio kiel rimedo, per kio li estis gvidata trovi kaj akcepti la Veron. Rilate al tiuj, kiuj restis senigitaj je tia beno, nur iliaj agoj malhelpis ilin ekkoni la veron de ĉi tiu Revelacio. Ni ameme konservas la esperon, ke vi, kiuj atingis tiun ĉi lumon, pleje penos forpeli la mallumon de superstiĉo kaj senkredo el inter la popolo. Viaj faroj proklamu vian kredon kaj ebligu al vi gvidadi la eraremulojn sur la vojojn de eterna saviteco. La memoro de ĉi tiu nokto neniam estos forgesita. Ĝi neniam estu forviŝita de la tempopaso, kaj ĝia mencio restadu por ĉiam sur la lipoj de la homaro.« |

La sepa Naw-Rúz post la Deklaro de Báb okazis en la deksesa tago de la monato Jamádíyu'l-Avval en la jaro 1267 p.H.,[595] monaton kaj duono post la fino de la batalo de Zanján. Tiun saman jaron, ĉirkaŭ la fino de printempo, en la fruaj tagoj de la monato Sha'bán,[596] Bahá'u'lláh eliris el la ĉefurbo al Karbilá. Tiutempe mi estis loĝanta en Kirmánsháh kune kun Mírzá Aḥmad, diktaskribisto de Báb, kiu estis ordonita de Bahá'u'lláh kolekti kaj kopii ĉiujn sanktajn verkojn, kies originaloj plejparte estis en lia posedo. Mi estis en Zarand, en la hejmo de mia patro, kiam la Sep Martiroj de ṭihrán suferis sian kruelan sorton. Prosperis al mi poste foriri al Qum, sub preteksto deziri viziti la sanktejon. Senpova trovi

[594] Titolo de `Abdu'l-Bahá.

[595] 1851 p.Kr.

[596] 1. – 30. Junio, 1851, p.Kr.

Mírzá Aḥmadon, kiun mi diziris renkonti, mi foriris al Káshán laŭ konsilo de ḥájí Músáy-i-Qumí, kiu informis min, ke la sola persono, kiu povus sciigi al mi la loĝlokon de Mírzá Aḥmad, estas `Aẓím, kiu tiam estis loĝanta en Káshán. Kun li mi denove reiris al Qum, kie mi estis enkondukita al certa Siyyid `Abu'l-Qásim-i-`Aláqih-Band-i-Iṣfáhání, kiu antaŭe akompanis Mírzá Aḥmadon dum lia vojaĝo al Kirmánsháh. `Aẓím instrukciis al li konduki min al la urbopordego, kie li informu min pri la loĝloko de Mírzá Aḥmad, kaj aranĝu mian foriron al Hamadán. Siyyid `Abu'l-Qázim siavice sendis min al Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-ṭabíb-i-Zanjání, kiun, li diris, mi certe trovus en Hamadán, kaj kiu direktus min al la loko, kie mi povus rekonti Mírzá Aḥmadon. Mi plenumis liajn instrukciojn kaj estis direktita de ĉi tiu Mírzá Muḥammad-`Alí renkonti en Kirmánsháh certan komerciston, Ghulám-ḥusayn-i-Shushtarí laŭnome, kiu kondukus min al la domo, kie Mírzá Aḥmad estis loĝanta.

Kelkajn tagojn post mia alveno Mírzá Aḥmad informis min pri tio, ke, dum li estis en Qum, li sukcesis instrui la Aferon al Íldirím Mírzá, |frato de Khánlar Mírzá, al kiiu li deziris prezenti ekzempleron de la "Dalá'il-i-Sab`ih",[597] kaj esprimis sian deziron, ke mi estu ĝin portanto. Íldirím Mírzá estis en tiuj tagoj guberniestro de Khurram-Ábád en la province Luristán, kaj entendiĝis ku sia armeo en la montoj de Khávih-Válishtar. Mi estis ege feliĉa plenumi lian peton,kaj esprimis mian pretecon tuj ekvojaĝi. Kun Kurda gvidisto ni trairis montojn kaj arbarojn dum ses tagoj kja ses noktoj ĝis ni atingis la ĉefsidejon de la guberniesto. Mi transdonis al li la konfiditaĵon kaj reen portis kun mi por Mírzá Aḥmad skribitan komunikon de li, kiu esprimis lian estimon pri la donaco kaj certigis lin pri lia sindono al la Afero de ĝia Aŭtoro.

Reveninte, mi ricevis de Mírzá Aḥmad la ĝojigan novaĵon pri la alveno de Bahá'u'lláh en Kirmánsháhon. Dum ni estis kondukataj en Lian ĉeeston, ni trovis Lin leganta la Koranon, ĉar estis la monato Ramaḍán, kaj ni estis benitaj per tio, ke ni aŭdis Lin legi versojn el tiu sankta Libro. Mi prezentis al Li la skribitan komunikon de Íldirím Mírzá al Mírzá Aḥmad. "La kredon, kiun ano de la dinastio Qájár konfesas", Li rimarkigis, post kiam Li legis la leteron, "oni ne povas fidi. Liaj deklaroj estas malsinceraj. Atandante, ke la babanoj unu tagon murdos la suverenon, li kaŝas en sia koro la esperon, ke ili aklamos lin posteulo. La amo, kiun li konfesas por Báb, estas influata de tiu motivo." Post kelkaj monatoj ni sciis la veron de Liaj vortoj. Ĉi tiu sama Íldirím Mírzá ordonis, ke certa Siyyid Baṣír-i-Hindí, fervora aliĝinto de la Kredo, estu mortigita.

Estus taŭge ĉe ĉi tiu punkto deflankiĝi de la vojo de nia historio kaj aludi mallonge al la cirkonstancoj de la konvertiĝo kaj morto de ĉi tiu martiro. Inter la disĉiploj, al kiuj Báb instrukciis en la fruaj tagoj de sia Misio, ke ili disiĝu kaj instruu Lian Aferon, estis certa Shaykh Sa`íd-i-Hindí, unu el la Literoj de la Vivanto, kiu estis ordonita |de sia Majstro vojaĝi ĉien tra Hindujo kaj proklami al ĝia popolo la instruojn de Lia Revelacio. Shaykh Sa`íd dum sia vojaĝado vizitis la urbeton Mooltan, kie li konatiĝis kun ĉi tiu Siyyid Baṣír,[598] kiu kvankam blinda, tamen povis vidi tuj per siaj spiritaj okuloj la signifon de la komuniko, kiun Shaykh Sa'íd alportis al li. La vasta klereco gajnita de li tute ne malhelpis lin estimi la valoron de la Afero, al kiu li estis alvokita, sed ebligis al li kompreni ĝian signifon kaj la grandecon de ĝia potenco. Forlasinte la ornamaĵaron de ĉefeco, kaj disiĝinte de siaj amikoj kaj parencoj, li leviĝis kun firma decido por helpi siervi la Aferon, kiun li akceptis. Lia unua ago estis entrepreni pilgrimadon al Shíráz en la espero renkonti sian Amaton. Alveninte en tiun urbon, je siaj surprizo kaj malĝojo li informiĝis, ke Báb estis ekzilita al la montoj de Ádhirbáyján, kie Li vivis vivon de doloriga soleco. Li tuj iris al ṭihrán, kaj el tie foriris al Núr, kie li konatiĝis kun Bahá'u'lláh. Ĉi tiu konatiĝo senŝarĝigis lian koron de la ŝarĝo de malĝojo kaŭzita de lia malsukceso renkonti sian Majstron. Al tiuj. kiujn li poste renkontis, el kiu ajn klaso aŭ kredo ili estis, li sciigis la ĝojojn kaj benojn, kiujn li tiel abunde ricevis de Bahá'u'lláh, kaj povis doni al ili iom de la potenco, |per kio lia interrilato kun Li ĉirkaŭis lian internan eston.

Mi aŭdis Shaykh Shahíd-i-Mázkánon rakonti la jenon: "Mi estis privilegiita konatiĝi kun Siyyid Baṣír somermeze dum lia trairo tra Qamsar, kien la altranguloj de Káshán iras por eviti la varmegecon de tiu urbeto. Tage kaj nokte mi trovis lin argumentanta kun la ĉefaj ulemoj, kiuj kunvenis en tiun vilaĝon. Kun kapablo kaj envidpovo li diskutis kun ili pri la malklarecoj de ilia Kredo, klarigis sentime kaj senkondiĉe la fundamentajn instruojn de la Afero, kaj absolute refutis iliajn rezonojn. neniu, kiel ajn granda estis liaj klereco kaj sperto, povis rifuzi la signojn, kiujn li klarigis por subteni siajn pretendojn. Tiomaj estis lia envidpovo kaj lia sciado pri la instruoj kal leĝoj de Islámo, ke liaj kontraŭuloj supozis lin esti sorĉisto, kies venena influo, ili timis, antaŭnelonge rabus ilin de ilia rango."

Mi same aŭdis Mullá Ibráhímon, alnomita Mullá-Báshí, kiu estis martirigita en Sulṭán-Ábád, jene rakonti sian impreson pri Siyyid Baṣír: "Ĉirkaŭ sia vivofino Siyyid Baṣír travojaĝis tra Sulṭán-Ábád, kie mi povis konatiĝi kun li. Li daŭre kunestis kun la ĉefaj ulemoj. Neniu povis superi lian scion pri la Korano kaj lian lertecon pri la tradicioj atributitaj al

---

[597] Unu el la plej konataj verkoj de Báb.

[598] « De sia juneco Siyyid Baṣír montris signojn de la mirindaj kapabloj, kiujn li poste evidentigis. Dum sep jaroj li ăuis la benojn de vidpovo, sed tiam, eő dum la vidpovo de lia animo fariăis klara, vualo de mallumo kaptis liajn korpajn okulojn. De sia infaneco li elmontris siajn bonan ecaron kaj amindan karakteron en vortoj kaj en faroj ; li nun aldonis al ői tio neordinaran piecon kaj seriozecon de vivo. Fine, en la aăo de dudek unu jaroj li ekiris kun granda pompo kaj ceremonio (őar li posedis multajn riőaŕojn en Hindujo) plenumi la pilgrimadon ; kaj atinginte Persujon, komencis kunesti kun őiu sekto kaj partio (őar li bone konis la doktrinojn kaj dogmojn de őiuj), kaj fordoni grandajn monsumojn bonfareme al la malriőuloj, samtempe submetiăante al plej rigora disciplino religia. Kaj őar liaj prapatroj antaůdiris, ke en tiuj tagoj Perfektulo aperos en Persujo, li daŭre faris demandojn. Li vizitis Mekkon, kaj, post kiam li plenumis la ritojn de la pilgrimado, iris al la sanktejoj de Karbilá kaj Najaf, kie li konatiăis kun la mortinta ḥájí Siyyid Káýim, al kiu li eksentis sinceran amikecon. Li tiam reiris al Hindujo ; sed, atinginte Bambajon, li aůdis, ke iu, kiu pretendas esti Báb, aperis en Persujo, őe kio li tuj reiris tien. » (La « Táriňľ-i-Jadíd », pp.245-6.)

mahometo. Li elmontris lian konprenpovon, ke ĝi terurigis liajn kontraŭulojn. Ofte liaj kontraŭuloj dubis la ĝustecon de liaj citaĵoj aŭ malakceptis la ekziston de tiuj tradicioj, kiujn li prezentis pri siaj argumentoj. Kun neerarema ĝusteco li ĉiam starigis la verecon de siaj argumentoj per siaj aludoj al la "Usúl-i-Káfí" kaj la "Biḥáru'l-Anvár",[599] el kiuj li tuj malkaŝis la precizan tradicion por pruvi la verecon de siaj vortoj. Li staris supera ambaŭaspekte en la fluado de siaj argumentoj kaj en la facileco, per kiu li malkaŝis la plej nedisputeblajn pruvojn sia temo."

El Sulṭán-Ábád, Siyyid Baṣír iris al Luristán, kie li vizitis la tendaron de Íldirím Mírzá, kaj estis akceptita de li kun egaj respekto |kaj estimo. Unu tagon, dum sia konversacio kun li, la siyyid, kiu estis granda kuraĝulo, aludis al ŝaho Muḥammad en tiaj vortoj, ke ili ekscitis la furiozan koleron de Íldirím Mírzá. Li forioziĝis pri la maniero kaj fervoro de liaj rimarkigoj, kaj ordonis, ke oni eltiru lian langon tra lian nukon. La Siyyid elportis tiun ĉi turmenton kun miriga suferkapablo, sed li kolapsis pro la doloro, kiun lia subpremanto senkompate suferigis sur lin. En la sama semajno letero, en kiu Íldirím Mírzá insultis sian fraton, Khánlar Mírzá, estis eltrovita de la laste nomita, kiu tuj akiris la konsenton de sia suvereno trakti lin, laŭ kiu ajn maniero plaĉus al li. Khánlar Mírzá, kiu sentis neplacigeblan malamon al sia frato, ordonis, ke oni senvestigu lin kaj konduku lin nudan kaj katenigitan la Ardibíl, kie li estis malliberigita, kaj kie fine li mortis.

Bahá'u'lláh pasigis la tutan monaton Ramaḍán en Kirmánsháh. Shukru'lláh-i-Núrí, unu el Liaj parencoj, kaj Mírzá Muḥammad-i-Mázindarání, kiu postvivis la batalon de ṭabarsí, estis la solaj kunuloj, kiujn Li elektis kunvenigi kun si al Karbilá. Mi aŭdis Bahá'u'lláhon mem motivigi sian foriron el ṭihrán. "La Amír-Niẓám", Li diris al ni, "petis Nin unu tagon viziti lin. Li akceptis Nin kore kaj malkaŝis la celon, por kio li alvokis Nin al si. »Mi vone scias«, li milde kaŝaludis, »la ecaron kaj influon de viaj agadoj, kaj mi forte konvinkiĝis, ke, se ne estus pro la subteno kaj helpo, kiun vi donas al Mullá ḥusayn kaj liaj kunuloj, nek li nek lia aro de nespertaj studentoj estus kapabla rezisti dum sep monatoj la militistaron de la imperia registaro. La kapableco kaj lerteco, per kiuj vi sukcesis direkti kaj kuraĝigi tiujn penojn, ne povis ne eksciti mian admiron. Mi estis senpova akiri ian signon, per kiu mi povus starigi vian kunkulpecon en ĉi tiu afero. Mi sentas, ke estas domaĝo, ke tiel rimedoplena persono estu lasita senokupa kaj ne havu okazon servi siajn landon kaj suverenon. Venis al mi la penso sugesti al vi, ke vi vizitu Karbiláon en ĉi tiuj tagoj, kiam la ŝaho projektas vojaĝon al Iṣfáhán. Estas mia intenco povi ĉe lia reveno donaci al vi rangon de Amír-Díván, |funkcio, kiun vi povus admirinde plenumi.« Ni fervore protestis kontraŭ tiuj akuzoj kaj rifuzis akcepti la postenon, kiun li esperis proponi al Ni. Kelkajn tagojn post tiu intervjuo Ni iris el ṭihrán al Karbilá."

Antaŭ la foriro de Bahá'u'lláh el Kirmánsháh, Li alvokis al si Mírzá Aḥmadon kaj min kaj ordonis al ni foriri al ṭihrán. Mi estis ordonita kontaktiĝi kun Mírzá Yaḥyá tuj post mia alveno kaj venigi lin kun mi al la fortikaĵo Dhu'l-Faqár Khán, lokita proksime al Sháhrúd, kaj resti kun li ĝis Bahá'u'lláh revenu al la ĉefurbo. Mírzá Aḥmad estis ordonita resti en ṭihrán fis Lia alveno, kaj estis konfiditaj al li skatolo da sukeraĵoj kaj letero adresita al Áqáy-i-Kalím, kiu siavice estis ordonita transsendi la donacon al Mázindarán, kie estis loĝantaj Plej Granda Branĉo kaj Lia patrino.

Mírzá Yaḥyá, al kiu mi transdonis la komunikon, rifuzis forlasi ṭihránon, kaj anstataŭe ordonis al mi iri al Qazvín. Li devigis min plenumi lian deziron kaj preni kun mi certajn leterojn, kiujn li ordonis al mi transdoni al certaj el liaj amikoj en tiu urbeto. Reveninte al ṭihrán, mi estis devigita ĉe insisto de miaj parencoj iri al zarand. Temen, Mírzá Aḥmad promesis, ke li denove aranĝos mian reiron al la ĉefurbo, promeso, kiun li plenumis. Du monatojn poste mi denove loĝis kun li en karavana loĝejo ekster la pordego Naw, kie mi pasigis la tutan vintron kun li. Li pasigis siajn tagojn kopiante la persan Bayánon kaj la "Dalá'il-i-Sab`ihon, laboro, kiun li plenumis kun admirinda entuziasmo. Li konfidis al mi du ekzemplerojn de la dua verko, petante, ke mi prezentu ilin pro li al Mustawfíyu'l-Mamálik-i-Áshtiyání kaj Mírzá Siyyid `Alíy-i-Tafarshí, alnomita la Majdu'l-Ashraf. La unua tiel multe kortuŝiĝis, ke li estis tute allogita al la Kredo. Rilate al Mírzá Siyyid `Alí, la opinioj, kiujn li esprimis, estis de tute alia karaktero. Ĉe kunveno, kiun Áqáy-i-Kalím ĉeestis, li komentis malfavore pri la daŭraj agadoj de la kredantoj. "Ĉi tiu sekto", li publike deklaris, "ankoraŭ vivas. Ĝiaj senditoj laboregas por disvastigi la instruojn de sia ĉefo. Unu el ili, junulo, |venis viziti min antaŭ kelkaj tagoj, kaj prezentis al mi traktaĵon, kiun mi konsideras ege danĝera. Iu el inter la ĝenerala publiko, kiu legos tiun libron, estos certe delogita per ĝia stilo." Áqáy-i-Kalím tuj komprenis de liaj aludoj, ke Mírzá Aḥmad sendis la Libron al li, kaj ke mi deĵoris kiel lia sendito. En tiu sama tago Áqáy-i-Kalím petis min viziti lin kaj konsilis al mi reiri al mia hejmo en Zarand. Li petis min inklinigi Mírzá Aḥmadon, ke li foriru tuj al Qum, ĉar ni ambaŭ, laŭ lia opinio, estis elmetitaj al ega danĝero. Plenumante la instrukciojn de Mírzá Aḥmad, mi sukcesis inklinigi al la siyyid, ke li redonu la Libron proponitan al li. Baldaŭ poste mi disiĝis de Mírzá Aḥmad, kiun mi neniam renkontis plu. Mi akompanis lin ĝis Sháh-`Abdu'l-`Aẓím, el kie li foriris al Qum, kaj mi daŭrigis mian vojaĝon al Zarand.

La monato Shavvál, en la jaro 1267 p.H.,[600] vidis la alvenon de Bahá'u'lláh al Karbilá. Survoje al tiu sankta urbo Li restis kelkajn tagojn en Baghdád, tiu loko, kiun postnelonge Li estis vizitonta denove, kaj kie Lia Afero estis destinita maturiĝi kaj malkaŝiĝi al la mondo. Alveninte al Karbilá, Li trovis, ke nombro da ĝiaj ĉefaj loĝantoj, inter kiuj estis Shaykh Sulṭán kaj ḥájí Siyyid Javád, viktimiĝis al la pereiga influo de certa Siyyid-i-`Uluvv, kaj deklaris sin esti liaj subtenantoj. Ili estis enprofundiĝintaj en superstiĉoj kaj deklaris sian ĉefon esti eĉ la enkorpio de la Dia Spirito. Shaykh

---

[599] Kompiloj de mahjometanaj tradicioj.

[600] 30. Julio – 28. Aŭgusto, 1851 p. Kr.

Sulṭán rangis inter liaj plej fervoraj disĉiploj kaj konsideris sin, krom sia majstro, kiel la plej eminentan ĉefon de siaj samlandanoj. Bahá’u’lláh renkontis lin kelkafoje kaj, per siaj vortoj de konsilo kaj bonkoreco, sukcesis purigi lian animon de liaj vanaj kapricoj kaj liberigi lin el la stato de malnobla vasaleco, en kiun li subiĝis. Li tute allogis lin al la Afero de Báb kaj ekbruligis en lia koro deziron disvastigi la Kredon. Liaj kundisĉiploj, vidinte la efikojn de lia tuja kaj mirinda konvertiĝo, estis igitaj unu post la alia forlasi sian antaŭan lojalecon kaj akcepti la |Aferon, kiun ilia kolego leviĝis probatali. Forlasita kaj malestimita de siaj antaŭaj aliĝintoj, la Siyyid-i-`Uluvv estis fine devigita ekkoni la aŭtoritatecon de Bahá’u’lláh kaj konfesi la superecon de Lia rango. Li eĉ esprimis penton pro siaj agoj, kaj promesis, ke li neniam denove rekomendos la teoriojn kaj principojn, al kiuj li dediĉis sin.

Estis dum tiu vizito en Karbilá, ke, piedirante tra la stratoj, Bahá’u’lláh renkontis Shaykh ḥasan-i-Zunúzíon al kiu Li konfidis la sekreton, kiun Li estis destinita malkaŝi poste en Baghdád. Li trovis lin avide serĉantan la promesitan ḥusaynon, al kiu Báb tiel ameme aludis, kaj kun kiu Li promesis, ke li konatiĝos en Karbilá. En antaŭa ĉapitro ni jam rakontis la cirkonstancojn, kiuj kondukis al lia konatiĝo kun Bahá’u’lláh. De tiu tago Shaykh ḥasan magnetiĝis de la ĉarmo de sia ĵustrovita Majstro, kaj se ne estus pro la sindeteno instigita al li, li estus proklaminta al la loĝantoj de Karbilá la revenon de la promesita ḥusayn, kies aperon ili estis atendantaj.

Inter tiuj, kiuj sentis tiun potencon, estis Mírzá Muḥammad-`Alíy-i-ṭabíb-i-Zanjání, en kies koro estis enplantita semo, kiu estis destinita kreski kaj flori en kredon tiel persisteman, ke la fajroj de persekutado estis senpovaj estingi ĝin. Al lia sindono, lia mobla kaj simpla animo Bahza#u’llah mem atestis. Tiu kredo kondukis lin fine sur la kampon de martireco. La saman sorton partoprenis Mírzá `Abdu’l-Vahháb-i-Shírází, filo de ḥájí `Abdu’l-Majid, kiu posedis bbutikon en Karbila, kaj kiu sentis sin instigita forlasi ĉiujn siajn posedaĵojn kaj sekvi sian Majstron. Tamen, li estis konsilita ne forlasi sian laboron, sed daŭri gajni siajn vivrimedojn is la tempo, kiam li estos alvokita al ṭihrán. Bahá’u’lláh instigis al li esti pacienca, kaj donis al li monsumon, per kio Li kuraĝigis lin pliampleksigi sian negocon. Senpova koncentrigi sian atenton sur sian metion, Mírzá `Abdu’l-Vahháb rapidis al ṭihrán, kie li restis ĝis li estis ĝetita en la subteran malliberejon, en kiu lia Majstro estis malliberigita, kaj tie suferis martiriĝon pro Li.  Shaykh `Alí-Mírzáy-i-Shírází estis same allogita, kaj ĝis sia lasta spiro restis fidela subtenanto de la Afero, al kiu li estis alvokita, kaj kiun li servis kun abnegacio kaj sindediĉo laŭdindegaj. Al amiko kaj nekonato egale li rakontis siajn travivaĵojn pri la mirinda influo, kiun la ĉeesto de Bahá’u’lláh faris sur lin, kaj entuziasme prisktibis la signojn kaj mirandaĵojn, kiujn li vidis dum kaj post la tagoj de sia konvertiĝo.

## *Ĉapitro XXVI*
## *Atenco sur la Vivon de la Ŝaho, kaj ĝiaj Rezultoj*

La oka Naw-Rúz post la Deklaro de Báb, kiu okazis la dudek sepan tagon de la monato Jamádíy’l-Ávval, en la jaro 1268 p.H.,[601] trovis Bahá’u’lláhon ankoraŭ en Irako okupiĝantan disvastigi la instuojn kaj firmigi la fundamentojn de la Nova Revelacio. Elmontrante tiajn entuziasmon kaj kapablecon, kiuj rememorigis pri Liaj agadoj en la fruaj tagoj de la Afero de Núr kaj Mázindarán, Li daŭris dediĉi sin al la tasko revivigi la energiojn, organizi la fortojn kaj direkti la penojn de la disigitaj kunuloj de Báb. Li estis la sola lumo en la mallumo, kiu ĉirkaŭis la konfuzitajn disĉiplojn, kiuj vidis unuflanke la kruelan martirigon de sia amata ĉefo kaj aliflanke la tragedian sorton de siaj kunuloj. Li sola povis inspiri ilin per la necesaj kuraĝo kaj fortikeco por elporti la multajn afliktojn suferigitajn sur ilin; Li sola povis pretigi ilin por la ŝarĝo de la tasko, kiun ili estis destinitaj porti, kaj kutimigi ilin kontraŭstari la ŝtormon kaj danĝerojn, kiuj estis baldaŭ ĉirkaŭontaj ilin.

Dum la printempo de tiu jaro, Mírzá Taqí Khán, la Amír-Niẓám, la Granda Veziro de ŝaho Náṣiri’d-Dín, kiu estis kulpa pri tiel malbonegaj perfortoj kontraŭ Báb kaj Liaj kunuloj, mortis en publika banejo en Fín, proksime al Káshán,[602] mizere malsukcesinte haltigi la antaŭeniron de |la Kredo, kiun li tiel fervore strebis subpremi. Liaj propraj famo kaj honoro estis destinitaj fine perei kun lia morto, kaj ne la influo de la vivo, kiun li provis estingi. Dum la tri jaroj, en kiuj li plenumis la postenon de Granda Veziro de Persujo, lia ministraĵo estis makulita per faroj de plej nigra malbono. Kiajn kruelegaĵojn liaj manoj faris dum ili eletendiĝis por frakasi la konstruaĵon, kiun Báb starigis! Al kiaj perfidemaj rimedoj li turnis sin en sia senpova kolerego por subfosi la vivoforton de Afero, kiun li timis kaj malamis! La unua jaro de lia administrado estis signita de la furioza atako de la imperiestra armeo de ŝaho Náṣiri’d-Dín kontraŭ la defendantoj de la fortikaĵo de ṭabarsí. Kun kia senkompato li direktis la militiron de subpremo kontraŭ tiuj senkulpaj subtenantoj de la

---

[601] 1852 p.Kr.

[602] ”Őirkaů kvar mejlojn sudokcidente de Kášľán sur la montodeklivoj estas lokita la palaco de Fín, kies fontoj igis ăin esti favorata vizitadejo de reăoj jam de fruaj tempoj… Poste pli malăoja memoro aliăis al la palaco de Fín; őar ői tie en 1852, Mírzá Taqí Ňľán, la unua granda ministro de la reganta ěaho, kaj bofrato de la reăo, estis mortigita laů la reăa ordono tiamaniere, ke oni tranőis liajn vejnojn en banejo. La loko estas nun senhoma.” (Persujo kaj la Persa Problemo”, de Lord Curzon, vol. 2, p.16.) “Sinjorino de la haremo estis sendita al la princino por diri al ěi, ke ěi ne larmu plu, őar la ěaho malseveriăis kaj la Amír povus reiri al ṭihrán aů iri al Karbilá, la kutima rifuăejo por tiuj persoj, kiuj perdis kortegan favoron. »La ňľal’at aů blazono«, diris ěi »estas survoje, kaj ăi alvenos post unu aů du horoj; iru do al la banejo kaj pretiău ricevi ăin.« La Amír dume eő ne unu fojon riskis forlasi la sendanăerecon de la apartamento de la princino kaj de ěia őeesto. Tamen, aůdinte la ăojigan novaŕon, li decidis sekvi la konsilon de ői tiu virino kaj cedi al banlukso. Li forlasis la princinon, kaj ěi neniam vidis lin plu. Kiam li atingis la banejon, la fatala ordono estis malkaěita al li, kaj la krimo estis farita. La farrášľ-bašľí kaj lia aőularo prezentis sin, kaj elekto de la mortmaniero estis donita al li. Oni diras, ke li elportis sian sorton kun pacienco kaj suferkapablo. Liaj vejnoj estis tranőitaj, kaj li fine mortis.” (“Ekvidoj pri la Vivmaniero kaj Moroj en Persujo” de Lady Sheil, pp. 251-2.)

Kredo de Dio! Kiajn furiozon kaj elokventecon li evidentigis petegante ekstermon de la vivoj de Quddús, ke Mullá ḥusayn, kaj de tricent kaj dektri el la plej bonaj kaj plej nobleaj el siaj samlandanoj! La dua jaro de lia ministraĵo trovis lin batalantan kun sovaĝa decido por ekstermi la Kredon en la ĉefurbo. Estis li, kiu aŭtoritatigis kaj instigis la kapton de la kredantoj, kiuj loĝadis en tiu urbo, kaj kiu ordonis la ekzekuton de la Sep Martiroj de ṭihrán. Estis li, kiu eligis la ofensivon kontraŭ Vaḥíd kaj liaj kunuloj, kiu inspiris tiun militiron de venĝo, kiu vigligis iliajn subpremantojn, kaj kiu instigis ilin fari la abomenojn, kiuj elstarigos tiun epizodon por ĉiam. Tiu sama jaro vidis alian frapon pli teruran, ol iu, kiun li ĝis tiam donis al tiu persekutita komunumo, frapo, kiu tragedie mortigis Tiun, kiu estis ||la Fonto de ĉiuj tiuj fortoj, kiujn li vane provis subpremi, La lastaj jaroj de la vivo de tiu Veziro restos ĉiam rilatigitaj al la plej naŭzega el la vastaj militiroj, kiujn lia inventema menso elpensis, militiro, kiu implikis la detruon de la vivoj de ḥujjat kaj de ne malpli, ol dekok centoj el liaj kunuloj. Tiaj estis la elstarantaj ecoj de kariero, kiu komenciĝis kaj finiĝis en tia regado de teruro, kian Persujo maloftego vidis.

Postvenis lin Mírzá áqá Khán-i-Núrí,[603] kiu, eĉ de la komenco de sia ministraĵo, penadis efektivigi repacigon inter la registaro de si estrata kaj Bahá'u'lláh, kiun li konsideris kiel la plej kapablan el la disĉiploj de Báb. Li sendis al Li varman leteron, kiu petis Lin reveni al ṭihrán kaj esprimis lian avidecon konatiĝi kun Li. Antaŭ la ricevo de tiu letero Bahá'u'lláh jam decidis foriri el Irako al Persujo.

Li alvenis en la ĉefurbon en la monato Rajab,[604] kaj estis bonvenigita de Ja'far-Qulí Khán, frato de la Granda Veziro, kiu estis speciale ordonita iri akcepti Lin. Dum unu tuta monato Li estis la estimata Gasto de la Granda Veziro, kiu elektis sian fraton deĵori kiel gastiganto pro li. Tiel granda estis la nombro de la eminentuloj kaj altranguloj de la ĉefurbo, kiuj amasiĝis por renkonti Lin, ke Li trovis sin senpova reiri al sia propra hejmo. Li restis en tiu domo ĝis sia foriro al Shimírán.[605]

|Mi aŭdis Áqáy-i-Kalímon deklari, ke dum tiu vojaĝo prosperis al Bahá'u'lláh renkonti `Aẓímon, kiu penadis dum longa tempo vidi Lin, kaj kiu en tiu intervjuo estis konsilita plej emfaze forlasi la planon, kiun li elpensis. Bahá'u'lláh kondamnis liajn projektojn, tute disiĝis de la ago, kiun li intencis fari, kaj avertis lin, ke tia provo rapidigus novajn malfeliĉegojn de senekzempla amplekso.

Bahá'u'lláh iris al Lavásán, kaj estis gastanta en la vilaĝo Afchih, propraĵo de la Granda Veziro, kiam atingis Lin la novaĵo pri la atenco sur la vivon de ŝaho Náṣiri'd-Dín. Ja'far-Qulí Khán ankoraŭ agis kiel Lia gastiganto pro la Amír-Niẓám. Tiu krimaĵo estis farita ĉirkaŭ la fino de la monato Shavvál, en la jaro 1268 p.H.,[606] de du nekonataj kaj nerespondecaj junuloj, unu nomita ṣádiq-i-Tabrízí, kaj la alia Fatḥu'lláh-i-Qumí, kiuj ambaŭ gajnis siajn vivrimedojn en ṭihrán. En la tempo, kiam la imperiestra armeo, estrata de la ŝaho mem, estis entendiĝinta en Shimíránon, ĉi tiuj du nesciantaj junuloj en frenezo de malespero leviĝis por venĝi la sangon de siaj buĉitaj fratoj.[607] La malsaĝaĵo, kiu karakterizis |ilian agon, estis evidentigita de la fakto, ke farante tian atencon sur la vivon de sia suvereno anstataŭ uzi efikajn armilojn, kiuj certigus la sukceson de sia entrepreno, ĉi tiuj junuloj ŝargis siajn pistolojn per kugletoj, kiujn neniu racia persono iam havus ideon uzi por tia celo. Se ilia ago estus instigita de viro prudenta, li certe neniam estus

---

603 Lia titolo estis la I'timádu'd-Dawlih, la Fidindulo de la Ětato. ("Ekvidoj pri la Vivmaniero kaj Moroj en Persujo", de Lady Sheil, p. 249.)

604 21. Aprilo – 21. Majo, 1852 p.Kr.

605 "Šľimírán aů Šľimrán (kelkafoje uzita en la pluralo, Šľimránát) estas la nomo donita ăenerale al la vilaăoj kaj domegoj lokitaj kiel someraj loăejoj de la pli riőaj loăantoj de ṭihrán." ("Historio de Vojaăanto", p. 81, subnoto 1.)

606 28. Šľavvál; 15. Aůgusto, 1852 p.Kr.

607 "Matene la reăo, forlasinte la palacon, surseliăis por rajdi. Li estis antaůita kiel kutime de rajdistoj portantaj longajn lancojn, de stalistoj kondukantaj őevalojn kovritajn per broditaj őabrakoj, kaj de multaj kavalerianoj nomadaj, kun la pafiloj suběultre kaj la glavoj őe la seloj. por ne ăeni la princon per polvo kaůzita de la őevalpiedoj, ői tiu antaůgvardio iris de antaůe, kaj la reăo rajdis sola, akorde, őe distanco de la sufiőe granda sekvantaro de altranguloj, de estroj kaj oficiroj, kiuj akompanis lin őie. Li estis jam tre proksima al la palaco kaj apenaů pasis tra la malalta pordeto de la ăardeno de Muḥammad-ḥasan, sanduq-dár aů ěparkasisto, kiam li rimarkis tri virojn, ia tri ăardenistojn, starantajn őe la vojflanko, du maldekstramane kaj unu dekstramane, kiuj ěajne atendis lin. Li nenion suspektis kaj daůris rajdi. Kiam li trovis sin proksime al ili, li vidis ilin saluti profunde, kaj li aůdis ilin krii samtempe: »Ni estas via ofero! Ni faras peton!« Tio estas la kutima formulo. Sed anstataů resti en sia kutima loko, ili antaůeniris rapidege al li, ripetante: »Ni faras peton!« Iom surprizita, la reăo ekkriis: »Kanajloj! kion vi volas?« En tiu momento la viro ekstramane ekprenis la őevalbridon per la maldekstra mano, kaj per la dekstra mano armita de pistolo pafis sur la reăon. Samtempe la du viroj maldekstramane ankaů pafis. Unu el la elpafoj tranőis perlokvaston pendantan sub la őevalkolo, alia vudoplenigis per kugletoj la dekstran brakon de la reăo kaj liajn lumbojn. _Tuj la viro dekstramane pendiăis sur la kruron de Lia Reăa Moěto, provis terentiri la princon, kaj sen ia ajn dubo li estus sukcesinta perforte eltiri lin el la selo, sed la du mrtigantoj maldekstramane faris precize la saman penon, do la reăo estis tenita de ili. Dume la reăo pugnofrapis la kapon jen de unu jen de alia, kaj la flankensaltoj kaj aliaj movoj de la ektimegita őevalo paralizis la penojn de la babanoj kaj konsumis tempon. La akompanantaro, unue miregigita, alkuris. Asadu'lláh Ňľán, őevalestro, kaj kavaleriano nomada glavmortigis la viron dekstramanan. Dume la aliaj altranguloj kaptis la du virojn maldekstramanajn, faligis kaj premligis ilin. Doktoro Cloquet, reăa kuracisto, helpanta de kelkaj personoj, rapide enirigis la princon en la ăardenon de Muḥammad-ḥasan, sanduq-dár; őar oni ne komprenis tion, kio ŕus okazis, kaj se oni ja havis ian ideon pri la granda danăero, oni havis nenian konon pri ăia graveco. Dum pli ol unu horo fariăis terura tumulto en la tuta Níyávarán. Dum la ministroj, la ṣadr-i-A'ýam antaůe, serveme rapidis en la ăardenon, kien oni kondukis la reăon, trumpetoj, tamburoj, tamburetoj kaj fajfiloj vokis la militistaron el őiu flanko; la řľulámoj surseliăis aů algalopegis; őiu ordonis; neniu vidis, aůskultis, aůdis nek sciis ion, Dum oni estis en ői tiu malordo, kuriero alvenis el ṭihrán sendita de Ardišľír Mírzá, guberniestro de la urbo, por demandi, őu io okazis, kaj kion oni faru en la őefurbo. Efektive, de la antaůa vespero la famo, ke la reăo estis mortigita, elěajnis certeco. La bazaroj, trairataj de aroj da armitaj viroj de minacanta agmaniero, estis forlasitaj de la komercistoj. Dum la tuta nokto la butikoj de la panistoj estis őirkaůitaj, őiu penanta provizumi sin por kelkaj tagoj. Tio estas la kutimo, kiam oni antaůvidas tumultojn. Fine, antaůtagiăe, őar la tumulto pliiăis, Ardišľír Mírzá femigis la pordegojn de la citadelo kaj de la urbo, armigis la regimentojn kaj lokigis siajn kanonojn, kun meőoj ekbruligitaj, en baterion, kvankam li vere ne sciis, kun kiu malamiko li havas aferon, kaj li petis ordonojn." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio." de la Comte de Gobineau, pp. 231-3.)

permesinta ilin plenumi sian intencon per tiel ridinde senefikaj iloj.[608]|Tio ago, kvankam farita de sovaĝaj kaj duon-idiotaj fanatikuloj, kaj malgraŭ tio, ke ĝi estis eĉ de la komenco emfaze kondamnita de ne malpli respondeca persono, ol Bahá’u’lláh, tamen estis signalo por komenco de serio da persekutoj kaj masbuĉadoj tiel sovaĝe furiozaj, ke ili povus esti komparataj nur kun la kruelegaĵoj de Mázindarán kaj Zanján. La ŝtormo furiozigita de tiu ago enigis la tutan ṭihránon en konstarnon kaj aflikton. Ĝi implikis la vivon de la ĉefaj kunuloj, kiuj postvivis la afliktegojn, al kiuj ilia Krado estis tiel kruele kaj senĉese subigita. Tiu ŝtormo ankoraŭ furiozis, kiam Bahá’u’lláh kun kelkaj el siaj plej kapablaj helpantoj estis enigita en malpuran, malluman kaj febrofrapatan malliberejon subteran, dum ĉenoj de granda pezeco, diujn nur malbonfamaj krimuloj estis kondamnitaj porti, estis metitaj sur Lian kolon. Dum ne malpli, ol kvar monatoj Li portis tiun ŝarĝon, kaj tioma estis la egeco de Lia suferado, ke la cikatroj de tiu kruelaĵo restis sur Lia korpo ĉiujn tagojn de Lia vivo.

|Tiel serioza minaco al ilia suvereno kaj al la institucioj de lia regno ekscitis la indignon de la tuta anaro de la eklezia elemento de Persujo. Laŭ ili tiu sentima faro postulis tujan kaj meritítan punon. Klopodoj senekzemple severaj, ili bruegadis, devus esti entreprenitaj por haltigi la tajdon enprofundigitan kaj la registaron kaj la Kredon de Islamo. Malgraŭ la sindeteno, kiun la sekvantoj de Báb uzis de post la komenco de la Kredo en ĉiu parto de la lando; malgraŭ la senĉesaj ordonoj de la ĉefaj disĉiploj al siaj fratoj, ke ili detenu sin de perfortaĵoj, obeu sian registaron lojale, kaj malpretendu ian intencon de sankta milito, iliaj malamikoj persistis en siaj antaŭmeditítaj penoj falseprezenti la karekteron kaj celon de tiu Kredo al la aŭtoritatuloj. Nun, kiam ago de tiel gravegaj sekvoj estis farita, kiajn akuzojn ĉi tiuj samaj malamikoj estus instigitaj atribui al la Afero, al kiu aliĝis tiuj krimkulpoj! Ŝajnis, ke venis la momento, kiam ili povus fine veki la regantojn de la lando al la neceso ekstermi kiel eble plej rapide herezon, kiu ŝajnis minaci eĉ la fundamentojn de la Ŝtato.

Ja’far-Qulí Khán, kiu estis en Shimírán, kiam estis farita la atenco sur la vivon de la ŝaho, tuj skribis leteron al Bahá’u’lláh kaj informis Lin pri tio, kio okazis. „La patrino de la ŝaho“, li skribis, „estas ege kolera. Ŝi denuncas vin malkaŝe antaŭ la kortego kaj regatoj kiel ‚aspirantan murdinton‘ de ŝia filo. Ŝi ankaŭ provas impliki Mírzá Áqá Khánon en tiun ĉi aferon, kaj akuzas lin esti via kunkulpo.“ Li instigis al Bahá’u’lláh resti kelkatempe kaŝita en tiu ĉirkaŭaĵo ĝis la pasio de la vulgarularo trankviliĝos. Li sendis al Afchih maljunan kaj spertan senditon, al kiu li ordonis servi lian Gaston kaj esti preta akompani Lin, al kiu ajn sendanĝera loko, kiun Li dezirus.

Bahá’u’lláh rifuzis utiligi la okazon, kiun Ja’far-Qulí Khán proponis al Li. Ignorante la senditon kaj malakceptinte lian proponon, Li elrajdis en la proksima mateno kun trankvila sinfido el Lavásán, kie Li estis pasloĝanta, al la ĉefsidejo de la imperiestra armeo, kiu estis tiam en |Níyávarán, en la distrikto Shimírán. alveninte al la vilaĝo Zarkandih, la sidejo de la rusa ambasadorejo, kiu kuŝis ĉe distanco de unu maydán[609] de Níyávarán, Li estis renkontita de Mírzá Majíd, Lia bofrato, kiu deĵoris kiel sekretario al la rusa ministro,[610] kaj invitita de li resti en lia hejmo, kiu apudestis tiun de lia superulo. La deĵorantoj de ḥájí `Alí Khán, la ḥajíbu’d-Dawlih, rekonis Lin kaj iris tuj informi sian majstron, kiu siavice atentigis la ŝahon pri la afero.

La novaĵo pri la alveno de Bahá’u’lláh ege mirigis la oficirojn de la imperiestra armeo. Ŝaho Náṣiri’d-Dín mem miris pri la sentima kaj neatendita klopodo, kiun faris viro akuzita esti la ĉefa instiganto de la atenco sur lian vivon. Li tuj sendis unu el siaj fidindaj oficiroj al la ambasadorejo, kun postulo, ke la Akuzito estu kondukita al li. La rusa ministro rifuzis, kaj petis Bahá’u’lláhon iri al la hejmo de Mírzá Áqá Khán, la Granda Veziro, loko, kiun li opiniis esti la plej konvena en tiuj circonstancoj. Lia peto estis plenumita, ĉe kio la ministro formale komunikis al la Granda Veziro sian deziron, ke pleja zorgo estu uzata por certigi la sendanĝerecon kaj protektadon de la Konfiditulo, kiun lia registaro transkondukas en lian prizorgon, avertante lin, ke li konsiderus lin respondeca, se li malsekvus liajn dezirojn.[611]

Kvankam Mírzá Áqá Khán entreprenis doni la plejajn certigojn postulatajn, kaj akceptis Bahá’u’lláhon en sian hejmon kun ĉiu signo de respekto, tamen li tro multe antaŭtimis pri la sekureco de sia propra rango, por ke li traktu sian Gaston tiel, kiel oni atendis. |Dum Bahá’u’lláh estis forlasanta la vilaĝon Zarkandih, filino de la ministro, kiu multe afliktiĝis

[608] Lord Curzon, kiu konsideras tiun ői okazintaŕon kiel « aferon plej maljuste konsideritan kiel ribeleman kaj anarűian konspiron », skribas jene : « Laů la faktoj, ke Bábismo en siaj plej fruaj tagoj trovis sin batalantan la civilajn potencojn, kaj ke atenco estis farita de babanoj sur la vivon de la ěaho, estas erare konkludita, ke la afero estas politika origine kaj nihilista laůkaraktere. Post studado de la verkoj aů de Báb aů de liaj posteuloj, ne ěajnas, ke estas la fundamento por tia suspekto. La persekutado de la registaro tre frue pelis la aliăintojn de la nova kredo en sintenadon de ribelado; kaj en la kolerego kaůzita de la luktado, kaj de la furioza brutuleco, per kiu la rajtoj de venko estis uzitaj de la venkintoj, ne estas mirige, se fanatikaj manoj estis trovitaj pretaj por faligi la suvereonon. Nuntempe la babanoj estas egale lojalaj kun iuj aliaj regatoj de la Krono. Kaj ne ěajnas esti ia pli granda justeco pri la akuzoj de socialismo, komunismo, kaj senmoraleco, kiuj estis tiel libere celdirektitaj sur la novan kredon. Certe nenia tia ideo kiel komunismo laů la eůropana senso, t.e., perforta redistribuado de propraŕoj, aů de socialismo en la deknaůa-jarcenta senco, t.e., la venko de laboro super kapitalon, iam eniris en la cerbon de Báb aů de liaj disőiploj. La sola komunismo konata kaj rekomendita de li estis tiu de la Nova Testamento kaj la frua Kristana Eklezio, nime, dividadi aŕojn komune inter la anoj de la kredo, kaj almozdonadi, kaj multe bonfaradi. Ĕajnas, ke la akuzo pri senmoraleco devenis parte de malicaj elpensoj de kontraůuloj, parte de la multe ple granda libereco pretendita de Báb por virinoj, kio en la Orienta menso apenaů apartiăas de malvirta konduto… Libere konsiderite, Bábismo povus esti difinita kiel kredo de bonfaremo, kaj preskaů de komuna humaneco. Fratamo, bonkoreco al infanoj, ăentileco kombinita kun digneco, sociamo, gastamo, senantaůjuăeco, amikeco eő al kristanoj, estas enkalkulitaj en ăiaj doktrinoj. Ke őiu babano ekkonas aů plenumas tiujn ői ordonojn, estus malsaăa aserto ; sed profeto, se oni dubas lian evangelion, estu juăita laů lia propra predikado. » (« Persujo kaj la Persa Problemo », de Lord Curzon, pp. 501-2.)

[609] Vidu la Glosaron.

[610] Princo Dolgorouki.

[611] Kiam Mi estis katenigita en la malliberejo de ṭá, unu el viaj ambasadoroj helpis Min. Pro tio Dio dekretis al vi tian rangon, kiun neniu krom Li povas kompreni. Atentu, por ke vi ne ěanău tiun ői altan rangon.” (La Tabuleto de Bahá’u’lláh al la caro de Rusujo.)

pri la danĝeroj, kiuj persekutis Lian vivon, estis tiel kaptita de emocio, ke ŝi ne povis deteni siajn larmojn. „Pro kio gravas“, oni aŭdis ŝin protesti al sia patro, „la aŭtoritato donita al vi, se vi estas senpova doni vian protektadon al gasto, kiun vi akceptis en vian domon?“ La ministro, kiu sentis grandan korinklinon por sia filino, kortuŝiĝis, kiam li vidis ŝiajn larmojn, kaj provis konsoli ŝin per siaj certigoj, ke li penos ĉielpove deturni la danĝeron, kiu minacis la vovon de Bahá'u'lláh. Tiun tagon la armeo de ŝaho Náṣiri'd-Dín estis enigita en egan tumulton. La postulegaj ordonoj de la suvereno, tiel baldaŭ sekvantaj la atencon sur lian vivon, okazigis plej fantaziajn famojn kaj ekscitis plej furiozajn pasiojn en la koroj de la loĝantoj de la ĉirkaŭaĵo. La maltrankvilo disvastiĝis ĝis ṭihrán kaj furioze flamigis la burletantan fajron de malamikeco, kiun la malamikoj de la Afero ankoraŭ konservis en siaj koroj. Konfuzo senekzempla en amplekso regis en la ĉefurbo. Vorto de denunco, signo, aŭ flustro estis sufiĉa por subigi senkulpulojn al tia persekutado, kian nenia plumo kuraĝus priskribi. Sendanĝereco de vivo kaj propraĵoj tute malaperis. La plej altaj ekleziaj aŭtoritatuloj de la ĉefurbo kuniĝis kun la plej influaj anoj de la registaro por doni tion, kion ili esperis estus fatala frapo al malamiko, kiu dum ok jaroj tiel serioze maltrankviligis la pacon de la lando, kaj kiun nenia ruzo aŭ perforto ankoraŭ povis silentigo.[612]||Post la morto de Báb Bahá'u'lláh ŝajnis al ili esti la ĉefa malamiko, kiun kapti kaj malliberigi ili opiniis esti ilia unua devo. Al ili Li estis la reenkorpiĝo de la Spirito, kiun Báb tiel potence malkaŝis, la Spirito, per kiu Li povis plenumi tiel plenan transformon en la vovoj kaj kutimoj de siaj |samlandanoj. La antaŭzorgoj de la rusa ministro, kaj la averto, kiun li eldiris, ne haltigis la manon, kiu eltendiĝis tiel decide kontraŭ tiu altvalora Vivo.

Survoje al ṭihrán el Shimírán Bahá'u'lláh estis kelkafoje senvestita, kaj oni superŝutis Lin per insultoj kaj mokoj. Piedirante kaj elmetite al la furiozaj radioj de la somermeza suno, Li estis devigita vojaĝi nudpieda kaj nudkapa la tutan distancon el Shimírán al la malliberejo subtera jam aludita. Laŭlonge la tuta vojo Li estis ĵetfrapadata jak kalumniata de la homamasoj, kiujn Liaj malamikoj sukcesis konvinki, ke Li estas malkaŝa malamiko de ilia suvereno kaj detruanto de la regno. Mankas al mi vortoj por priskribi la teruron de la traktado montrata al Li dum oni kondukis Lin al la Síyáh-Chál[613] de ṭihrán. Dum Li estis alproksimiĝanta al tiu subtera malliberejo, oni vidis maljunan kaj kadukan virinon elveni

[612] Renan, en sia verko titolita "La Apostoloj" (p. 378), karakterizas la grandan masbuőadon en ṭihrán, kiu sekvis la atencon faritan sur la vivon de la ěaho, kiel "tagon senekzemplan eble en la historio de la mondo". (Enkonduko al "Historio de Vojaăanto", de E.G. Browne, p.45.) "La nombro da martirigoj, kiuj okazis en Persujo, oni taksas ăis dekmil. (Ői tiu takso estas konservema. Multaj taksas la nombron de dudek mil ăis tridek mil, kaj kelkaj eő pli.) La plimulto el ői tiuj okazis dum la frua historio de la kredo, sed ili daŭris kun malpliiăanta ofteco, eő ăis la nuna tempo." ("Vivo kaj Instuoj de `Abbás Effendi", enkonduko, de M.H. Phelps, p. 36.) "Inter da dokumentoj en mia posedo, kiuj aludas al la babanoj, estas manuskripta kopio de artikolo germanlingva, kiu estis eldonita la 17an de Oktobro, 1852, en n-ro 291 de ia germana aŭ aŭstra ŕurnalo, kies nomon malfeliőe oni ne scias. Mi opinias, ke mi ricevis ăin antaŭ multaj jaroj de la vidvino de la mortinta d-ro Polak, aŭstra doktoro, kiu estis kuracisto de ěaho Náṣiri'd-Dín őe la komenco de lia regado, kaj kiu estas aŭtoro de valora libro kaj kelkaj pli mallongaj traktaŕoj pri Persujo kaj rilatantaj aferoj. Ăi őefe baziăas sur letero skribita la 29an de Aŭgusto, 1852, de aŭstra oficiro, kapitano von Goumoens, kiu militistadis por la ěaho, sed kiu tiel naŭziăis kaj teruriăis pri la kruelegaŕoj, kiujn li devis vidi, ke li eksiăis. La traduko de ői tiu artikolo estas jena : 'Antaŭ kelkaj tagoj ni menciis la atencon faritan sur la vivon de la ěaho de Persujo okaze de őasado. La konspirantoj, kiel oni bone scias, apartenas al la babanoj, religia sekto. Rilate al ői tiu sekto kaj la subpremaj klopodoj faritaj kontraŭ ăi, la letero de la aŭstra kapitano von Goumoens antaŭnelonge eldonita en la "Amiko de la Soldato" (Soldatenfreund) enhavas interesajn sciigojn, kaj klarigas iagrade la atencon koncernan. Ői tiu letero estas jena: "Tihran, 29. Aŭgusto, 1852. Kara Amiko, Mia antaŭa letero de la 20° menciis la atencon sur la reăon. Mi nun komunikos al vi la rezulton de la eldemando, al kiu estis subigitaj la du krimuloj. Malgraŭ la teruraj turmentegoj suferigitaj, la esploro eldevigis malplenan konfeson; la lipoj de la fanatikuloj restis fermaj, eő tiam, kiam pere de brulruăaj pinőiloj kaj membrodisěiraj ěraŭboj oni provis eltrovi la őefan konspiranton… Sed sekvu min, mia amiko, vi, kiu pretendas koron kaj eŭropan etikon, sekvu min al la malfeliőuloj, kiuj, kun la okuloj elěiritaj, devas manăi en la loko de la faro, sen ia ajn saŭco, siajn proprajn amputitajn orelojn; aŭ kies dentoj estas elěirataj kun kruela perforto per la mano de la ekzekutisto; aŭ kies senkovraj kranioj estas simple pistitaj per martelbatoj; aŭ kie la bazaro estas lumigata per malfeliőaj viktimoj, őar dekstramane kaj maldekstramane oni fosas profundajn truojn en iliajn brustojn kaj ěultrojn kaj enmetas brulantajn meőojn en la vundojn. Mi vidis kelkajn trenataj katenigitajn tra la bazaro, antaŭatajn de milita muzikistaro, en kiuj vulsie en la vundoj, kiel ŕusestingita lampo. Ne malofte okazas, ke la senlaca elpensemeco de la orientuloj kondukas al novaj turmentoj. Ili senhaŭtigas la plandojn de la babanoj, trempas la vondojn en bolantan oleon, jffferumas la piedojn kiel őevalhofojn, kaj devigas la viktimon kuri. Nenia krio aŭdiăas el la brusto de la viktimo; la turmento estas elportata en profund silento de la sensentigita sento de la fanatikulo; nun li devas kuri; la korpo ne povas elporti tion, kion al animo elportis; li falas. Donu al li finan baton! Sendolorigu lin! Ne! La ekzekutisto svingas la vipon, kaj – mi mem devis vidi ăin – la malfeliőa viktimo de centoblaj turmentoj kuras! Ői tio estas la komenco de la fino. Rilate al la fino mem, ili pendigas la bruletigitajn kaj traboritajn kadavrojn per iliaj manoj kaj piedoj sur arbon kapo malsupren, kaj tiam őiu perso povas plenkore provi sian pafistecon de difinita sed ne tro proksima distanco sur la bonan őasaŕon je sia dispono. Mi vidis kadavrojn ěiritajn de preskaŭ 150 kukloj… Kiam mi legas denove, kion mi ŕus skribis, kaptas min la penso, ke la homoj kun vi en nia kore amata Aŭstrujo eble dubos la plenan veron de la priskribo, kaj akuzos min pri troigo. Ke volus Dio, ke mi ne estus vivinta vidi ăin! Sed pro la devoj de mia profesio mi estis malfeliőe ofte, ege ofte, vidanto de ői tiuj abomenoj. Nun mi neniam forlasas mian domon, por ke mi ne vidu novajn scenojn de teruro. Post ilia morto la babanoj estas dishakitaj en du partojn kaj aŭ najlfiksitaj sur la urbopordegon aŭ elŕetitaj sur la ebenaŕon kiel manăaŕo por hundoj kaj ěakaloj. Tiamaniere la puno etendiăas eő preter la limojn, kiuj limigas tiun ői amaran mondon, őar tiuj mahometanoj, kiuj ne estas enterigitaj, ne havas rajton eniri la Paradizon de la Profeto. pro tio,ke mia tuta animo ribelas kontraŭ tia malbonego, kontraŭ tiaj abomenoj, kiujn, laŭ őies juăo, la nuna tempo prezentas mi ne daŭrigos plu mian interrilaton kun la sceno de tiaj krimoj."' (Li plue diras, ke li jam petis eksigon, sed ankoraŭ ne ricevis respondon.)" ("Materialo por Studado de la Babana Religio", de E.G. Browne, pp.267-71.) "Ardišľír Mírzá devis laŭagi. Li daŭrigis la fermadon de la pordegoj kaj postenigis infanteriajn pikedojn, ordoninte al la gardostarantoj, ke ili pririgardu zorgeme la vizaăojn de tiuj, kiuj dezirus forlasi la urbon; kaj, dum oni instigis la loăantaron iri sur la remparon proksime al la pordego de Šľimírán por vidi sur la teraso antaŭ la ponto super la remparfosaŕo la stumpigitan kadavron de ṣádiq, la princguberniestro kunvenigis la Kalántaron aŭ policestron, la Veziron de la urbo, la Dárúřľihon aŭ policistan juăiston, kaj la kvartaloőefojn, kaj ordonis al ili serői kaj aresti őiujn personojn, kiujn oni suspektas esti babanoj. Pro tio, ke neniu povis forlasi la urbon, oni atendis ăis la nokto por komenci tiun ői serőesploron, őar estis necesaj precipe lerteco kaj ruzo. La polico en ṭihrán kiel en őiuj urboj de Azio, estas tre bone organizita. Tio estas postlasaŕo de la Sassanidoj, kiun la arabaj Ňľalífoj zorgege konservis; kaj őar estis plene utile por őiuj registaroj kiel ajn malbonaj, kaj eő pli por la pli malbonaj, ol por la aliaj, ke ili subtenu ăin, ăi restis preskaŭ sendifekta meze de la ruinoj de tiel multaj aliaj institucioj egale bonaj, kiuj malprosperiăis. Necesas do scii, ke őiu kvartaloőefo interrilatanta rekte kun la Kalántar, estras certan nombron da viroj, nomitaj sar řľišľmihoj, policanoj, kiuj sen speciala vesto kaj sen distingiga signo, neniam forlasas tiujn stratojn, kies gardo estas asignita al ili. Ili estas ăenerale bone ěatataj de la loăantoj kaj vivas senceremonie kun ili. Ili faras őiamanierajn servojn al őiu, kaj nokte, őu vintre aŭ somere, kuěiăintaj sub antaŭtegmenteton de iu ajn butiko, senzorgemaj pri pluvo aŭ neăo, ili prigardas la propraŕojn kaj ětelojn ili tre maloftigas, őar ili faras ilin tre malfacilaj. Cetere, ili konas la kutimojn kaj la loăantojn de őiuj domoj tiamaniere, ke, se necese, ili povus gvidi tuj serőesplorojn; ili scias la ideojn, la opiniojn, la familiarajn rilatojn, la amikajn interrilatojn de őiu; kaj kiam oni invitas al vespermanăo tri amikojn, la sar-řľišľmih, mem ne spioninte, tiel senceremonie afabla li estas kun őiu, scias, je kioma horo la invititoj alvenis, kion oni manăis, kion oni faris kaj diris, kaj je kioma horo ili foriăis. La kad-ňľudáoj aŭ kvartaloőefoj antaŭavertis tiujn ői policanojn, ka ili observadu la babanojn en siaj respektivaj distriktoj, kaj oni atendis." ("Religioj Kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp. 234-5.)

[613] Nomo de la subtera malliberejo, kiu signifas "Nigra Kavo".

el la mezo de la homamaso, kun ŝtono en la mano, avida ĵeti ĝin sur la vizaĝon de Bahá'u'lláh. Ŝiaj okuloj ardis kun tiaj decido kaj fanatikeco, kiajn malmultaj virinoj de ŝia aĝo kapablas elmontri. Ŝia tuta korpo tremis pro kolerego dum ŝi antaŭenpuŝis kaj levis la manon por ĵetegi sian ĵetaĵon sur Lin. „Je la Siyyidu'sh-Shuhadá,[614] mi solene petas vin", ŝi petegis, dum ŝi rapidis kuratingi tiujn, al kiuj Bahá'u'lláh estis transkondukita, „donu al mi okazon ĵeti mian ŝtonon sur lian vizaĝon!" „Ne lasu, ke ĉi tiu virino estu malkontenta", estis la vortoj de Bahá'u'lláh al siaj gardistoj, dum Li vidis ŝin rapidi malantaŭ Li. „Ne rifuzu al ŝi tion, kion ŝi konsideras laŭdinda ago antaŭ Dio."

La Síyáh-Chál, en kiun Bahá'u'lláh estis ĵetita, kiu origine estis akvujego por unu el la publikaj banejoj de ṭihrán, estis subtera malliberejo, en kiun oni malliberigis la plej malbonajn tipojn de krimuloj. |La mallumeco, la malpureco, kaj la karaktero de la malliberuloj kune faris el tiu pesta malliberejo subtera la plej abomenan lokon, al kiu oni povis kondamni homojn. Liaj piedoj estis metitaj en puntabulojn, kaj ĉirkaŭ Lia kolo estis ligitaj la ĉenoj Qará-Guhar, malvonfamaj ĉie tra Persujo pro sia pika pezeco.[615] Dum tri tagoj kaj tri noktoj nenia manĝaĵo aŭ trinkaĵo estis donita al Bahá'u'lláh. Ripozo kaj dormo ambaŭ estis neeblaj al Li. La loko estis ensvarmita de bestetaĉoj, kaj la odoraĉo de tiu malluma loĝejo sufiĉis por subpremi eĉ la spiritojn de tiuj, kiuj estis kondamnitaj suferi ĝiajn terurojn. Tia estis la fistato, en kiu Li estis premigita, ke eĉ unu el la ekzekutistoj gardantaj Lin sentis kompaton. kelkafoje ĉi tiu viro provis inklinigi Lin trinki iom da teo, kiun li sukcesis enkonduki en la malli erejon subteran sub siaj vestoj. Tamen Bahá'u'lláh rifuzis trinki ĝin. Lia familio ofte penadis inklinigi la |gardostarantojn permesi al ili porti la manĝaĵojn, kiujn ili kuiris por Li, en Lian malliberejon. Kvankam unue neniom da petegado povis inklinigi la gardostarantojn malseverigi la severecon de sia disciplino, tamen iom post iom ili cedis al la trudpetado de Liaj amikoj. Tamen, neniu povis esti certa, ĉu tiuj manĝaĵoj fine atingus Lin, aŭ ĉu Li konsentus manĝi ilin dum nombro da Liaj kunmalliberuloj malsatis antaŭ Liaj okuloj. Certe oni apenaŭ povus imagi pli grandan mizeron, ol tiu, kiu okazis al ĉi tiuj senkulpaj viktimoj d la kolerego de ilia suvereno.[616]|Rilate al la junulo ṣádiq-i-Tabrízí, la sorto, kiun li suferis, estis tiel kruela, kiel ĝi estis humiliga. Oni kaptis lin en la momento, kiam li estis rapideganta al la ŝaho, kiun li deĵetis de lia ĉevalo en la espero bati lin per sia glavo. La Sháṭir-Báshí, kune kun la deĵorantoj de la Mustawfíyu'l-Mamálík, ĵetis sin sur lin kaj, sen ia ajn provo sciiĝi, kiu li estas, mortigis lin tuj. Dizirante trankviligi la eksciton de la vulgarularo, ili hakis lian kadavron en du partojn, ĉiun el kiuj ili pendigis antaŭ la publiko ĉe la enirejo de la portegoj Shimírán kaj Sháh-`Abdu'l-`Aẓím.[617] Liaj du aliaj kunuloj, Fatḥu'lláh-i-ḥakkák-i-Qumí kaj ḥájí Qásim-i-Nayrízí, kiuj sukcesis nur vundeti la ŝahon, estis subigitaj al kruela traktado, pro kio ili fine mortis. Kvankam Fatḥu'lláh suferis nedireblajn kruelaĵojn, tamen li obstine rifuzis respondi al la demandoj faritaj al li. Lia silentado dum la multoblaj turmentoj inklinigis liajn subpremantojn kredi, ke li ne povas paroli. Koleregigitaj de la malsukceso de siaj penoj, ili verŝis fanditan plumbon en lian gorĝon, ago, kiu ĉesigis liajn suferadojn.

Lian kamaradon, ḥájí Qásim, oni traktis kun sovaĝeco ankoraŭ pli naŭzega. En tiu sama tago, kiam ḥájí Sulaymán Khán estis subigata al tiu terure severa provo, ĉi tiu kompatinda aĉulo ricevis similan traktadon de siaj persekutantaj en Shimírán. Li estis senvestita, bruligitaj kandeloj estis puŝegitaj en truojn faritajn en lia karno, kaj li estis tiamaniere

---

614 La Imám ḥusayn.

615 "Se iam vi okaze vizitus la malliberejon de Lia Moŝto la ŝaho, petu al la direktoro kaj ŝefo de tiu loko, ke li montru al vi tiujn du ĉenojn, unu el kiuj estas konata kiel Qará-Guhar kaj la alia kiel Salásil. Mi ĵuras je la Suno de Justeco, ke dum kvar monatoj Mi estis ŝarĝita kaj turmentita per unu el tiuj ĉenoj. 'La malojo de jakob paliĝas antaŭ Mia malĝojo ; kaj ĉiuj afliktoj de Ijob estis nur parto de miaj afliktoj.'" („Epistolo al Filo de Lupo". p.57.) "Rilate al la persa maniero de malliberigo, la kutimo estas tiel malsimila al nia, kiel tiu de punoj. Estas nenia tia afero kiel punservuto dumviva, aŭ eĉ dum periodo da jaroj; punlaboro estas nekonata en rolo de kondamnaĵo, kaj malliberigo por ia longa periodo estas malofta. Kutime okazas liberigo komence de la nova jaro; kaj kiam nova guberniestro estas elektita, li ordinare malplenigas la malliberejon, kiu verŝajne estis plenigita de lia antaŭulo; eble unu aŭ du el la plej malbonaj homoj suferas mortpunon por krei benefikan impreson de forto. Estas nenia virina fako; virinoj, kiel ankaŭ krimuloj de alta rango, estas detenitaj en domo de pastro. Oni diras, ke en ṭihrán estas tri specoj da malliberejoj : la subteraj karceroj sub la Sankta Ŝranko, kien krimuloj kulpaj pri konspiro aŭ ŝataperfido estis laŭdire malliberigitaj; la urba malliberejo, kie oni povas vidi vulgarajn krimulojn kun ferkolumoj ĉirkaŭ la kolo, kelkafoje kun la piedoj en puntabuloj, kaj ligitajn unu al la alia per feraj ĉenoj; kaj la privata gardejo, kiu estas ofte apartenaĵo de la domegoj de la altranguloj. Oni povas vidi, ke la persa teorio de justeco esprimita kaj en juĝaj kondamnaĵoj, en suferigo de punoj. kaj en la malliberejа kodo, estas tiu de akra kaj rapida procedo, kies celo estas puni (laŭ mainiero tiel proksimume egala kiel eble al la origina peko), sed tute ne reformi la kulpulon." ("Persujo kaj la Persa Problemo", de Lord Curzon, vol. 1, pp.458-9.)

616 "Ni havis nenion komunan kun tiu abomeninda faro kaj Nia senkulpeco estis nedisputeble pruvita antaŭ la tribunalo. Malgraŭ tio oni arestis Nin kaj el Níyávarán, kiu estis tiam la reĝa restejo, metis Nin en la malliberejon en ṭihrán. Ni piediris en katenoj, kunnodaj kapo kaj piedoj, ĉar bruta gardisto, kiu Nin akompanis surĉevale, deĵetis la ĉapelon de Nia kapo, kaj multaj ekzekutistoj kaj gardistoj pelis Nin antaŭen kun granda rapideco kaj fermis Nin dum kvar monatoj en loko, al kiu similan oni neniam vidis. Efektive, malluma kaj malvasta ĉelo estus multe pli bona, ol la loko, kie estis malliberigita tiu ĉi Persekutato kaj Liaj kunuloj. kiam Ni, alveninte, eniris la malliberejon, oni kondukis Nin tra malserena koridoro, kaj de tie Ni malsupreniris tri kurtajn ŝtuparojn ĝis la subteraĵo destinita por Ni. Tiu ĉi loko estis peĉe malluma, kaj ĝiaj loĝantoj, en la nombro de preskaŭ cent kvindek, estis ŝtelistoj, murdistoj kaj vojrabistoj. Entenante tian amason, ĝi tamen havis nenian elirejon krom la koridoro, tra kiu Ni eniris. La plumo ne kapablas priskribi tiun lokon kaj ĝian potran malbonodron. Plej multaj el la amaso havis nek veston por surmeti, nek maton por kuŝi. Dio scias, kion Ni suferis en tiu malserena kaj fia loko! Tage kaj nokte en tiu malliberejo Ni meditis pri la karaktero de la babanoj, pri iliaj faroj kaj aferoj, mirante, kiel ili povis, malgraŭ la grandeco de sia animo, nobleco kaj inteligenteco, kapabli al tia faro, kia estis tiu malrespekta atenco kontraŭ la vivo de la reganto. Tiam tiu ĉi Persekutato decidis, ke, forlasinte la malliberejon, Li eklaboros kun plej granda peno por renaskiĝo de tiuj homoj… Unu nokton en sonĝo eiu ĉi glor-glora vorto aŭdiĝis de ĉiuj flankoj: ′Vere, Ni helpos Vian triumfon per Vi mem kaj per Via plumo. Ne malĝoju pro tio, kio okazis al Vi, kaj ne timu. Vere Vi estas el tiuj, kiuj estas sekuraj. Baldaŭ la Sinjoro sendos kaj aperigos la trozorojn de la tero, homojn, kiuj donos al Vi venkon per Vi mem kaj per Via Nomo, per kiu la Sinjoro revivigos la korojn de tiuj, kiuj scias.′" (Aluido de Bahá'u'lláh al la Síyáh-Čľál en "Epistolo al Filo de Lupo.") "`Abdu'l-Bahá rakontas, kiel unu tagon Li ricevis permeson eniri la malliberejan korton por vidi sian Patron dum Lia ĉiutaga promeno. Bahá'u'lláh estis terure ŝanĝita, tiel malsana, ke Li apenaŭ povis paŝi; Lia barbo estis nerazita, la kolo frotvundita kaj ŝvelinta pro la premo de peza ŝtala kolumo, Lia korpo estis klinita pro ŝarĝo de la katenoj, kaj tiu ĉi vidaĵo faris neforgeseblan impreson sur la menson de la sentema knabo." ("Bahá'u'lláh kaj la Nova Epoko", p.61.)

617 "Oni ligis la kadavron de ṣádiq, la mortigita babano, al la vosto de mulo, kaj oni trenis ĝin trans la ŝtonojn ĝis ṭihrán, por ke la tuta loĝantaro povu vidi, ke la konspirantoj maltrafis. Samtempe oni sendis senditojn al Ardišľír Mírzá por ordoni al li, kion li faru." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, p.234.)

paradigata antaŭ popolamaso, kiu ekkriege malbenis lin. La spirito de venĝo, kiu vigligis tiujn, al kiuj li estis transkondukita, ŝajnis esti nesatigebla. Tagon post tago novaj viktimoj estis devigitaj elpagi per sia sango krimon, kiun ili neniam faris, kaj kies detalojn |ili tute ne sciis. ĉiu elpensaĵo, kiun la turmentegistoj de ṭihrán povis uzi, estis aplikita kun senkompata severeco al la korpoj de ĉi tiuj malfeliĉuloj, kiuj estis nek juĝitaj nek eldemantitaj, kaj kies rajto pledi kaj pruvi sian senkulpecon estis tute ignorita.

Ĉiu el tiuj tagoj de teruro vidis martirigon de du kunuloj de Báb, unu el kiuj estis mortigita en ṭihrán, dum la alia mortis en Shimírán. Ambaŭ estis subigitaj al la sama turmento, ambaŭ estis transdonitaj al la publiko, por ke ĝi elfaru sian venĝon sur ilin. Tiuj arestitoj estis distribuitaj inter la diversajn klasojn de la loĝantoj, kies senditoj vizitis la subteran malliberejon ĉiutage kaj pretendis sian viktimon.[618] Kondukinte lin al la loko de lia morto, ili signalis ĝeneralan atakon, ĉe kio geviroj ĉirkaŭis sian viktimon, pecetŝiris lian kadavron, kaj tiel senmembrigis ĝin, ke restis nenia signo de ĝia origina formo. Tia senkompato mirigis eĉ la plej brutajn ekzekutistojn, kies namoj, kiel ajn alkutimiĝintaj al homa buĉado, neniam faris la kruelegaĵojn, kiujn tiuj homoj pruviĝis kapablaj fari.[619]|||

---

618 "Estis tiam, ke Mírzá Áqá Ňľán, la Granda Veziro, por distribui la respondecon de punado kaj malpliigi la hazardojn de sangovenĝo, elpensis eksterordinaran ideon difini la krimulojn ekzekutotajn al la ĉefaj ministroj, generaloj, kaj oficiroj de la kortego, kiel ankaŭ al reprezentantoj de la pastra kaj komercistaj klasoj. La ministro de la eksterlandaj aferoj mortigis unu, la ministro de la internaj aferoj alian, la ĉevalestro trian, kaj tiel plu." (« Persujo Kaj la Persa Problemo », de Lord Curzon, p. 402, noto 2.)

619 "Lia Moŝto decidis dividi la ekzekuton de la viktimoj inter la diversaj fakoj de la ŝtato; la sola persono esceptigita estis li mem. Unue venis la ŝaho, kiu havis rajton por Qiṣás, aŭ laŭleĝa revenĝo, pro sia vundo. Por savi la dignecon de la Krono, la zorgisto de la domanaro, kiel reprezentanto de la ŝaho, pafis la unuan pafon sur la konspiranton elektitan kiel lian viktimon, kaj liaj deputitoj, la farrášľoj, finis la laboron. Filo de la ĉefministro estris la oficejon de la internaj aferoj, kaj mortigis alian babanon. Tiam venis la oficejo de la eksterlandaj aferoj. La ministro de la eksterlandaj aferoj, pia stultulo, kiu pasigis sian tempon studante la tradiciojn de Mahometo, kun deturnita vizaĝo faris la unuan glavotranĉon, kaj tiam la subministro kaj komizoj de la oficejo de la eksterlandaj aferoj pecethakis sian viktimon. La pastraro, la komercistgoj, la artilerio, la infanterio, ĉiu havis sian difinitan viktimon. Eĉ la admirinda franca kuracisto de la ŝaho, la ĵusmortinta d-ro Clocquet, estis invitita montri sian lojalecon per tio, ke li sekvu la ekzemplon de la cetera kortego. Li eltiris sin, kaj afable diris, ke li jam mortigis tor multajn homojn profesie, por ke oni permesu al li pliigi ilian nombron per ia volonta hommortigo siaparte. Li rememorigis al sa ṣadr, ke ĉi tiuj barbaraj kaj neaŭditaj procedoj ne nur estas mem naŭzegaj, sed ankaŭ kaŭzos plejan abomenon kaj naŭzon en Eŭropo. Tiu ĉi ege ekscitiĝis pri tio, kaj demandis kolere: ´Ĉu vi deziras, ke la venĝo de la babanoj estu kuncentrigita sur min solan?´ La jeno estas eltiraĵo el la ´ṭihrána Gazeto´de tiu tago, kaj servos kiel specimeno de persa ´ĉefartikolo´: ´Kelkaj malvirtaj, senkonsciencaj personoj nereligiaj fariĝis disĉiploj de la abomeninda Siyyid `Alí-Muḥammad Báb, kiu antaŭ kelkaj jaroj elpensis novan religion, kaj kiu poste estis mortigita. Ili estis senpovaj pruvi la veron de sia kredo, la nevereco de kio estis evidenta. Ekzemple, post kiam multaj el iliaj libroj venis al ni, ni trovis, ke ili enhavas nenion krom simpla senkredeco. Ankaŭ per ĉimonda rezonado ili neniam povis subteni sian religion, kiu ŝajnis esti taŭga nur por konkuri kun la Plejpotenculo. Tiam ili ekpensis pri celi al suvereneco, kaj penadi por flamigi ribelojn, esperante proviti pro la konfuzo, kaj rabi la propraĵojn de siaj najbaroj. Mizera aĉularo, kies ĉefo, Mullá Šľayňľ `Alí de Turšľíz, nomis sin anstataŭanto de la mortinta Báb, kaj kiu alprenis la titolon Alta Moŝto, kunigis ĉirkaŭ si kelkajn el la antaŭaj kunuloj de Báb. Ili delogis al siaj principoj kelkajn diboĉemulojn, unu el kiuj estis ḥájí Sulaymán Ňľán, filo de la mortinta Yaḥyá Ňľán de Tabríz. En la domon de ĉi tiu ḥájí estis ilia kutimo kuniĝi por konsiliĝo, kaj plani atencon kontraŭ la bonaŭspicia vivo de Lia Moŝto. Dektu el ilia aro, kiuj proponis sin por la faro, estis elektitaj plenumi sian celon, kaj al ĉiu el ili oni donis pistolojn, ponardojn, k.t.p. Oni decidis, ke la menciita aro iru al la loĝadejo de la ŝaho en Níyáraván, kaj atendu sian okazon.´Tiam sekvas rakonto pri la atako, kiun mi jam sufiĉe detale priskribis. ´Ses personoj, kies krimoj ne estis tiel klare pruvitaj, estis kondamnitaj al ĉiama malliberiĝo; la ceteraj estis dividitaj inter la pastraro, la doktoroj de leĝo, la ĉefaj servantoj de la kortego, la loĝantoj, komercistoj, negocistoj, metiistoj, kiuj donis al ili iliajn meritaĵojn laŭ la jena maniero: La mulláoj, pastroj kaj klerularo mortigis Mullá Šľayňľ `Alíon, anstataŭanto de Báb, kiu alprenis la titolon Imperiestra Moŝto, kaj kiu estis la aŭtoro de ĉi tiu abomenegaĵo. La princoj mortigis Siyyid ḥasanon de Ňľurásán, konata malvirtulo, per pistolpafoj, glavoj, kaj ponardoj. La ministro de la eksterlandaj aferoj, plena de religia kaj morala fervoro, pafis la unuan pafon sur Mullá Zaynu'l-`Ábidínon de Yazd, kaj la sekretarioj de lia fako finmortigis lin kaj pecettranĉis lin. La Niýámu'l-Mulk (filo de la ĉefministro) mortigis Mullá ḥusaynon. Mírzá `Abdu'l-Vahháb de Šľíráz, kiu estis unu el la dektu murdantoj, estis mortigita de la frato kaj filoj de la ĉefministro; liaj aliaj parencoj pecettranĉis lin. Mullá Fatḥu'lláh de Qum, kiu pafis la pafon, kiu vundis la reĝon, estis mortigita tiamaniere : Meze de la reĝa tendaro kandeloj estis enmetitaj en lian korpon (oni faris entranĉojn) kaj ekbruligitaj. La zorgisto de la domanaro vundis lin en la saman lokon, kien ĉi tiu malutilis la ŝahon, kaj tiam la deĵorantoj ŝtonmortigis lin. La nobeloj de la kortego sendis Šľayňľ `Abbáson de ṭihrán al la infero. La personaj deĵorantoj de la ŝaho mortigis Muḥammad-Báqiron, unu el la dektu. La ĉevalestro de la ŝaho kaj la servantoj de la ĉevalejo hufferumis Muḥammad-Taqíon de Šľíráz, kaj tiam sendis lin al liaj kunuloj. La ceremoniestroj kaj aliaj nobeloj, kun siaj deputitoj, mortigis Muḥammadon de Najaf-Ábád per hakiletoj kaj bastonoj, kaj sendis lin al la profundaĵoj de la infero. La artilerianoj unue eltranĉis okulon de Muḥammad-`Alí de Najaf-Ábád, kaj tiam pafis lin el bombardilo. La soldatoj bajonetumis Siyyid ḥusaynon de Milán, kaj sendis lin al la infero. La kavalerio mortigis Mírzá Rafí'on. La adjutanto-gerneralo, generaloj, kaj koloneloj mortigis Siyyid ḥusaynon.´" ("Ekvidoj pri la Vivmaniero kaj Moroj en persujo", de Lady Sheil, pp. 277-81.) "En tiu tago oni vidis en la stratoj kaj b azaroj de ṭihrán scenon, kiuj la loĝantaro ŝajne neniam forgesos. Kiam la konversacio eĉ nuntempe temas pri ĉi tiu afero, oni povas imagi la treegan teruron, kiun la homamaso travivis, kaj kiun la tempo ne malpliigis. Oni vidis piediri inter la ekzekutistoj infanojn kaj virinojn kun entranĉoj en la korpoj, kaj kun ekbruligitaj meĉoj flamantaj en la vundoj. Oni trenis la viktimojn per ŝnuroj kaj oni devigis ilin marŝi per vipobatoj. Infanoj kaj virinoj piediris katantaj paragrafeton, kiu diris: ´Vere, ni venis de Dio kaj ni reiros al Li!´ Iliaj voĉoj laŭtegiĝis super la profunda silento de la homamaso, ĉar la loĝantaro de ṭihrán estis nek malbona nek tre pia pri Islámo. Kiam ajn iu el la turmentatoj falis kaj oni restarigis lin per vipobatoj aŭ per bajonetoj, se nur verŝo de sango, kiu fluis sur ĉiujn liajn membrojn, ankoraŭ lasis al li ion da forto, li ekdancis kaj kriis kun eĉ pli granda entuziasmo: ´Vere, ni apartenas al Dio kaj ni reiros al Li!´ Kelkaj infanoj mortis survoje. La ekzekutistoj ĵetis iliajn kadavrojn sub la piedojn de iliaj patroj kaj de iliaj fratinoj, kiuj marŝis senhezite sur ilin kaj ne duan fojon rigardis ilin. Kiam ili alvenis al la ekzekuta loko proksime al la Nova Pordego, oni proponis denove al la viktimoj liberigon, se ili apostatiĝos, kaj, kio ŝajnus esti malfacila, oni eĉ subigis ilin al minacado. unu ekzekutisto elpensis la ideon diri al unu patro, ke, se li ne cedus, eĉ sur lia brusto li tranĉus la gorĝon de liaj du filoj. Ili estis du knabetoj, la pliaĝa el kiuj havis 14 jarojn, kaj kiuj, sangokovritaj, karnocindrigitaj, aŭskultis indiferente al la dialogo; la patro, kuŝiĝinte sur la teron, respondis, ke li estas preta, kaj la pliaĝa infano, insistante avide sian rajton de unuenaskiteco, petis, ke oni buĉu lin unue. Ne estas neeble, ke la ekzekutisto rifuzis al li tiun ĉi lastan kontentigon. Fine, ĉio estis elfinita; noktiĝis ĉirkaŭ amaso de senformaj kadavroj; la kapoj estis ligitaj en paketoj al juĝeja fosto, kaj la antaŭurbaj hundoj tien iris en aroj. Tiu tago donis al Báb pli da sekretaj amikoj, ol multaj predikadoj povus fari. Mi jam diris, ke la impreso farita sur la loĝantoj per la ega indiferenteco de la martiroj estis profunda kaj daŭra. Mi ofte aŭdis vidintojn, altajn registaranojn, kelkajn eminentajn altrangulojn, rakonti la scenojn de tiu tago. Aŭdante ilin, oni povus facile opinii, ke ili estas ĉiuj babanoj, tiel grandan admiron ili montris por tiuj memoraĵoj, pri kiuj Islámo ne ludis la belan rolon, kaj tiel altan ideon, kiun ili konfesis pri la rimedoj, la esperoj kaj la sukcesebleco de la sekto." ("Religioj kaj Filozuofioj en Meza Azio", de la Comte de Gobineau, pp.248-50.) « Tiuj ekzekutoj estis ne nur krimaj, sed malsaĝaj. La barbareco de la subpremantoj matrafigis iliajn proprajn celojn, kaj anstataŭ inspiri teruron, donis al la martiroj okazon por elmontri suferkapablon tian heroan, faris pli, ol iu propagando kiel ajn lerta povus fari por certigi la triumfon de la afero, por kiu ili mortis… La impreso sentigita de tiaj signoj de kuraĝo kaj toleremo estis profunda kaj daŭra; ja, la kredo, kiu inspiris la martirojn, estis ofte infekta, kiel la jena okazaĵo montras. Certa kanajlo el Yazd, konata pro sia sovaĝa sendisciplina vevmaniero, iris vidi la ekzekuton de kelkaj babanoj, eble por moki ilin. Sed kiam li vidis, kun kiaj trankvileco kaj konstanteco ili ekceptis turmenton kaj morton, li sentis tiel grandegan naŭzon, ke li alkuregis, kriante, ´Mortigu min ankaŭ ! Mi ankaŭ estas babano!´Kaj tiamaniere li kriadis ĝis li ankaŭ partoprenis la sorton, kiun li elvenis por nur rigardadi." ("Jaro inter la Persoj", de E.G. Browne, pp. 111-12.)

El ĉiuj turmentoj, kiujn nesatigebla malamiko suferigis sur siajn viktimojn, neniu estis pli naŭzega en sia karaktero, ol tiu, kiu karakterizis la morton de ḥájí Sulaymán Khán. Li estis filo de Yaḥyá Khán, unu el la oficiroj militistadantaj al la Náyibu's-Salṭanih, patro de ŝaho Muḥammad. Li retenis tiun saman postenon en la fruaj tagoj de la regado de ŝaho Muḥammad. ḥájí Sulaymán Khán montris de siaj plej fruaj jaroj videblan malinklinon al rango kaj posteno. De post la tago de sia akcepto de la Afero de Báb, la bagatelaj okupoj de la homoj ĉirkaŭ li ekscitis liajn kompaton kaj malestimon. La vaneco de iliaj ambicioj estis sufiĉege elmontrita al li. En sia frua juneco li sentis sopiron forkuri el la tumulto de la ĉefurbo kaj rifuĝi en la sanktan urbon Karbilá. Tie li konatiĝis kun Siyyid Káẓim kaj fariĝis unu el liaj plej fervoraj subtenantoj. Lia sincera pieco, liaj ŝparemo  kaj izolemeco estis inter la ĉefaj ecoj de lia karaktero. Li restis en Karbilá ĝis la tago, kiam la Voko el Shíráz atingis lin pere de Mullá Yúsúf-i-Ardibílí kaj Mullá Mihdíy-i-Khu'í, kiuj ambaŭ estis inter liaj plej konataj amikoj. Li entuziasme akceptis la Revelacion de Báb.[620] Reirinte al ṭihrán el Karbilá, li intencis kuniĝi kun la defendantoj de la fortikaĵo de ṭabarsí, sed alvenis tro malfrue por atingi sian celon. Li restis en la ĉefurbo kaj daŭris porti la specon de vesto, kiun li elektis en Karbilá. La malgranda turbano, |kiun li portis, kaj la blanka tuniko, kiun lia nigra `abá[621] kaŝis, malplaĉis al la Amír-Niẓám, kiu inklinigis lin forĵeti tiujn ĉi vestojn kaj vesti sin anstataŭe per militista uniformo. Li estis devigita porti kuláhon,[622] kapvesto, kiun oni opiniis esti pli konforma al la rango de lia patro. Kvankam la Amír insistis, ke li akceptu postenon en la servado de la registaro, tamen li obstine rifuzis plenumi lian peton. Li pasigis la plimulton el sia tempo kun la disĉiploj de Báb, precipe kun tiuj kunuloj Liaj, kiuj postvivis la batalon de ṭabarsí. Li ĉirkaŭis ilin per zorgemo kaj bonkoreco vere mirigaj. li kaj lia patro estis tiel influaj, ke la Amír-Niẓám estis inklinigita ne mortigi lin kaj ja deteni sin de iaj perfortaĵaj kontaŭ li. Kvankam li ĉeestis en ṭihrán, kiam estis martirigitaj la sep kunuloj de Báb, kun kiuj li intime kunestis, tamen nek la registarestroj nek iuj el la vulgarularo kuraĝis postuli lian areston. Eĉ en Tabríz, kien li vojaĝis por la celo savi la vivon de Báb, neniu inter la loĝantoj de tiu urbo kuraĝis levi fingron kontraŭ li. La Amír-Niẓám, kiu estis ĝustatempe informita pri ĉiuj liaj servoj al la Afero de Báb, preferis ignori liajn agojn, plivole ol rapidigi konflikton kontraŭ li kaj lia patro.

Baldaŭ post la martirigo de certa Mullá Zaynu'l-Abidín-i-Yazdí, famo disvastiĝis, ke tiuj, kiujn la registaro intencis mortigi, inter kiuj estis Siyyid ḥusayn, diktaskribisto de Báb, kaj ṭáhirih, estis liberigotaj, kaj ke plua persekutado kontraŭ iliaj amikoj estis definitive forlasota. Oni disvastigis raporton, ke la Amír-Niẓám, opiniante, ke alproksimiĝas la horo de sia morto, estis subite kaptita de granda timo kaj, en angoro de pento, ekkriis: „Mi estas fantomvizitita de la vizio de Báb, kiun mi martirigis. Mi nun povas kompreni la teruran eraron, kiun mi faris. Mi devus esti haltiginta la perforton de tiuj, kiuj instigis min verŝi lian sangon kaj tiun de liaj kunuloj. Mi nun konstatas, |ke la interesoj de la ŝtato postulis ĝin." Lia posteulo, Mírzá Áqá Khán, same inkliniĝis en la fruaj tagoj de sia administrado, kaj intencis inaŭguri sian ministraĵon per daŭra repacigo inter si kaj la sekvantoj de Báb. Li estis entreprenonta tiun taskon, kiam la atenco kontraŭ la vivo de la ŝaho frakasis liajn planojn kaj enigis la ĉefurbon en staton de senekzempla konfuzo.

Mi aŭdis Plej Grandan Branĉon,[623] kiu en tiuj tagoj estis nur okjara infano, rakonti unu el siaj travivaĵoj, kiam Li kuraĝis, forlasi la domon, en kiu Li estis tiam loĝadanta. „Ni serĉis rifuĝon", Li diris al ni, „en la domo de Mia onklo, Mírzá Ismá`íl. ṭihrán estis kaptita de ege savaĝa ekscito. Mi kuraĝis kelkafoje ekeliri el tiu domo kaj transiri la straton survoje al la vendejo. Mi apenaŭ transiris ĉiufoje la sojlon kaj paŝis en la straton, kiam knaboj samaĝaj kiel Mi, kiuj estis ĉirkaŭkurantaj, ĉiam amasigis ĉirkaŭ Mi, kriante, ´Babano! Babano!´Bone sciante la staton de ekscito, en kiun eniĝis ĉiuj loĝantoj de la ĉefurbo, kaj junaj kaj maljunaj, Mi intence ignoris ilian bruegadon kaj trankvile forŝtelis ĉiufoje min al Mia hejmo. Unu tagon Mi okaze iris sola tra la vendejo survoje al la dome de Mia onklo. Dum Mi rigardis malantaŭen, Mi trovis aron da brutuletoj rapidegantaj kuratingi Min. Ili estis ĵetfrapadantaj Min per ŝtonoj kaj kriegantaj minace, ´Babano! Babano!´Timjigi ilin ŝajnis esti la sola rimedo, per kio Mi povus malhelpi la danĝeron, per kiu ili minacis Min. Mi returnen iris kaj kuregis al ili kun tia decideco, ke ili forkuris aflikte kaj malaperis. Mi povis aŭdi ilian krion de malproksime, ´La babaneto rapide sekvas nin! Li certe kuratingos kaj mortigos nin ĉiujn!´ Dum Mi estis iranta hejmen, Mi aŭdis viron kriegantan laŭvoĉe: ´Brave, vi kuraĝa kaj sentima infano! Neniu en via aĝo iam estus povinta senhelpe kontraŭstari ilian atakon.´De tiu tago Mi estis neniam denove ĝenita de iuj el la stratknaboj, kaj Mi ne aŭdis ian ofendan vorton el iliaj lipoj."

|Inter tiuj, kiuj meze de la ĝenerala konfuzo estis kaptitaj kaj malliberigitaj, estis ḥájí Sulaymán Khán, la cirkonstancojn pri kies martiriĝo mi nun ekrakontos. La faktoj, kiujn mi mencios, estis zorge esploritaj kaj konfirmitaj de mi, kaj mi ŝuldas pri ili plejparte al Áqáy-i-Kalím, kiu mem estis en ṭihrán dum tiuj tagoj kaj devis partopreni la terurojn kaj suferojn de siaj fratoj. „En la tago de la martirigo de ḥájí Sulaymán Khán", li informis min, „kune kun Mírzá `Abdu'l-Majíd mi okaze ĉeestis kunvenon en ṭihrán, kiun ĉeestis sufiĉe granda nombro da eminentuloj kaj altranguloj de la ĉefurbo. Inter ili estis ḥájí Mullá Maḥmúd, la Niẓámu'l-`Ulamá, kiu petis al la Kalántar priskribi la efektivajn cirkonstancojn de la morto de ḥájí Sulaymán Khán. La Kalántar fingromontris al Mírzá Taqí, la kad-khudá,[624] kiu, li diris, kondukis la viktimon el la ĉirkaŭaĵo de la imperiestra palaco al la loko de lia ekzekuto ekster la pordego Naw. Oni

---

[620] Laŭ Samandar (manuskripto p.2), Sulaymán Ňľán atingis la ĉeeston de Báb dum Lia pilgrimado al Mekko kaj Medino.

[621] Vidu la Glosaron.

[622] Vidu la Glosaron.

[623] Titolo de `Abdu'l-Bahá.

[624] Vidu la Glosaron.

petis do al Mírzá Taqí rakonti al la ĉeestantoj ĉion, kion li vidis kaj aŭdis. ´Mi kaj miaj helpantoj´, li diris, éstis ordonitaj aĉeti naŭ kandelojn kaj mem puŝegi ilin en profundajn truojn, kiujn ni tranĉu en lian karnon. Ni estis ordonitaj ekbruligi ĉiun el ĉi tiuj kandeloj kaj konduki lin akompanatan de tamburoj kaj trumpetoj tra la vendejo ĝis la loko de lia ekzekuto. Tie ni estis odrdonitaj haki lian korpon en du partojn, ĉiun kiun oni petis nin pendigi ambaŭflanke de la pordego Naw. Li mem elektis la manieron, laŭ kiu li deziris esti martirigita. ḥajíbu'd-Dawlih[625] estis ordonita de ŝaho Náṣiri'd-Dín esplori la kunkulpecon de la akuzito, kaj, se li estus certigita pri lia senkulpeco, inklinigi lin malkonfesi. Se li cedus, li estus pardonita kaj detenota ĝis la fina solvo de lia afero. Okaze de lia rifuzo, li estus martirigita, laŭ kia ajn maniero li dezirus. „´La esploroj de ḥajíbu'd-Dawlih konvinkis lin pri la senkulpeco |de ḥájí Sulaymán Khán. Tuj kiam la akuzito informiĝis pri la instrukcioj de sia suvereno, oni aŭdis lin ĝoje ekkrii: „Tiel longe, kiel mia vivosango daŭros pulsbati en miaj vejnoj, neniam mi volos malkonfesi mian kredon je mia Amato! Ĉi tiu mondo, kiun la Komandanto de la kredantoj[626] komparis al mortintaĵo, neniam delogos min de mia Kordeziro.“ Oni petis lin difini la manieron, laŭ kiu li deziras morti. „Traboru truojn en mian karnon“, estis la tuja respondo, „kaj en ĉiun vundon metu kandelon. Naŭ kandeloj estu ekbruligitaj sur mian tutan korpon, kaj en tiu stato konduku min tra la stratoj de ṭihrán. Alvoku la homamason vidi la gloron de mia martiriĝo, por ke la memoro de mia morto restu impresita en iliaj koroj kaj, dum ili rememoros la egecond e mia aflikto, ĝi helpu ilin ekkoni la Lumon, kiun mi akceptis. Post kiam mi estos atinginta la ekzekutan lokon kaj eldirinta la lastan preĝon de mia surtera vivo, haku mian korpon en du partojn kaj pendigu miajn membrojn ambaŭflanke de la pordego de ṭihrán, por ke la homamaso iranta sub ĝi atestu la amon, kiun la Kredo de Báb ekbruligis en la koroj de Liaj disĉiploj, kaj rigardu la pruvojn de ilia sindono.

„´ḥajíbu'd-Dawlih instrukciis al siaj deĵorantoj plenumi la esprimitajn dezirojn de ḥájí Sulaymán Khán, kaj ordonis al mi konduki lin tra la vendejon ĝis la loko de lia ekzekuto. Dum ili transdonis al la viktimo la kandelojn, kiujn ili aĉetis, kaj estis pretiĝantaj puŝegi siajn tranĉilojn en lian bruston, li subite provis ekpreni la ilon el la tremantaj manoj de la ekzekutisto por mem enigi ĝin en sian karnon. „Pro kio timi kaj heziti?“ li kriis, eltendigante la brakon por ekpreni la ilon el lia premteno. „Mi mem faru la faron kaj ekbruligu la kendelojn.“ Timante, ke li atakos nin, mi ordonis al miaj deĵorantoj kontraŭstari lian provon kaj ligi liajn manojn malantaŭen. „mi montru per la fingroj“, li petegis, „la lokojn, kien mi deziras ilin puŝegi sian ponardon, ĉar mi havas nenian alian peton krom ĉi tio.“

“´ |Li petis ilin treabori du truojn en lian bruston, du en liajn ŝultrojn, unu en lian nukon, kaj la kvar aliajn en lian dorson. Kun stoika trankvilo li elportis tiujn turmentojn. Konstanteco ardis en liaj okuloj dum li daŭrigis misteran kaj plenan silenton. Nek la kriego de la homamaso nek vido de la sango fluanta sur lia tuta korpo inklinigis lin interrompi tiun silenton. Stoika kaj serena li restis ĝis ĉiuj naŭ kandeloj estis enmetitaj kaj ekbruligitaj.

„´Kiam ĉio estis preta por lia marŝo al la loko de lia morto, rekta kiel sago kaj kun tiu sama sentima suferkapablo lumetanta sur lia vizaĝo, li antaŭenpaŝis por konduki la aregon amasiĝintan ĉirkaŭ li al la loko, kiu estis vidonta la finon de lia martiriĝo. Ĉe ĉiuj kelkaj paŝoj li interrompis sian marŝon kaj, rigardante la konfuzitajn apudstarantojn, kriegis: „Kiaj pli grandaj pompo kaj parado estas, ol tiuj, kiuj en ĉi tiu tago akompanas mian progreson por gajni la kronon de gloro! Glorata estu Báb, kiu povas ekbruligi tian sindonon en la brustoj de siaj amantoj, kaj havigi al ili tian potencon, kiu estas pli granda, ol la potenco de reĝoj!“ Kelkafoje, kvazaŭ ebria pro la fervoro de tiu sindono, li ekkriis: „A braham de pasinta epoko, preĝante al Dio en la horo de amara angoro,ke Li sendu sur Lin tiun refreŝigon, kiun Lia animo sopiris, aŭdis la voĉon de la Nevidato proklami: ´Ho fajro! malvarmiĝu, kaj estu al Abraham sendanĝera![627] Sed ĉi tiu Sulaymán krias el la profundecoj de sia soifeganta koro: ´Sinjoro, Sinjoro, Via fajro brulu senĉese en mi, kaj permesu, ke ĝia flamo forbruligu mian eston.´“ Dum liaj okuloj vidis la vakson bruleti en la vundoj, li ekkriis aklamon de ĝojego: „Ke Tiu, kies mano ekbruligis mian animon, ĉeestus por vidi mian staton!“ „Ne opiniu,ke mi estas ebria pro vino de ĉi tiu tero!“ li kriis al la ega homamaso, kiu staris konsternita ĉe vido de lia konduto. „Estas amo de mia Amato, kiu plenigis mian animon kaj igas min senti, ke mi estas dotita de tia suvereneco, kian eĉ reĝoj envius!“

|„Mi ne povas rememori la ekkriojn de ĝojo, kiuj aŭdiĝis el liaj lipoj dum li alproksimiĝis al sia fino. Mi memoras nur kelkajn kortuŝajn vortojn, kiujn en siaj momentoj de ĝojego li sentis sin instigita ekkrii al la grandega regardantaro. Mankas vortoj, per kiuj mi priskribu la esprimon de tiu vizaĝo aŭ taksu la efikon de liaj vortoj sur la popolamason.

„´Li estis ankoraŭ en la bazaro, kiam venteto ekscitis la bruladon de la kandeloj en lia brusto. dum ili fandiĝis rapide, iliaj flamoj atingis ĝis la vundoj, en kiujn ili estis puŝegitaj. Ni, kiuj sekvis kelkajn paŝojn malantaŭ li, povis aŭdi klare la brulsonon de lia karno. Anstataŭ silentigi lian voĉon, la vido de sango kaj fajro kovrantaj lian korpon ŝajnis pliigi lian neestingeblan entuziasmon. Oni ankoraŭ povis aŭdi lin alparolantan ĉi tiun fojon la flamojn enbrulantajn en liaj vundoj: „Ho flamoj, jam de longe vi perdis vian pikon kaj estis rabitaj de via povo dolorigi min. Rapidu, ĉar eĉ de viaj fajrolangoj mi aŭdas la voĉon, kiu vokas min al mia Amato!“

„´Doloro kaj suferado ŝajnis esti forigitaj per la fervoro de tiu entuziasmo. Ĉirkaŭita de la flamoj, li iris kiel venkinto marŝus al la sceno de sia triumfo. Li iris tra la ekscitita homamaso kiel flamlumo inter la mallumo ĉirkaŭ li. Alveninte al la ekzekuta loko, li denove laŭtigis la voĉon en fina alpeto al la amaso da rigardantoj: „Ĉu ĉi tiu Sulaymán, kiun vi nun vidas antaŭ vi viktimo de fajro kaj sango, ne ĝuis ĝis antaŭnelonge ĉiujn favorojn kaj riĉaĵojn, kiujn la mondo povas

---

[625] Lia nomo estis ḥájí `Alí Ňl'án. (Vidu “Historio de Vojaăanto », p.52, noto 1.)

[626] La Imám `Alí.

[627] ´Korano, 21:69.

doni? Kio povis igi lin forrifuzi tiun ĉi surteran gloron kaj akcepti repage tiel grandajn malaltigon kaj suferadon?“ Sterniĝinte en la direkton de la sanktejo de la Imám-Zádih ḥasan, li murmuris kelkajn vortojn arabajn, kiujn mi ne povis kompreni. „Mia laboro estas nun finita!“ li kriis al la ekzekutisto, tuj kiam li finis sian preĝon. „Venu kaj faru la vian!“ Li estis ankoraŭ viva, kiam lia korpo estis hakitaj en du partojn per |hakileto. Malgraŭ tiel nekredeblaj suferadoj, la laŭdoj al lia Amato daŭris sur liaj lipoj ĝis la lasta momento de lia vivo.′[628]

„Tiu tragedia historio kortuŝis la aŭskultantojn profundanime. La Niẓámu'l-`Ulamá, kiu atente aŭskultis al ĉiuj ĝiaj detaloj, premis la |manojn pro teruro kaj malespero. ‚Kiel stranga, kiel ege stranga estas ĉi tiu Afero!‘ li ekkriis. Sen ia plua vorto de komento li tuj poste stariĝis kaj foriris.“[629]

Tiuj tagoj de senĉesa tumulto vidis la martirigon de ankoraŭ alia eminenta disĉiplo de Báb, Virino, kiu estis neniu alia ol la granda kaj heroa ṭáhirih mem, estis enprofundigita en la ŝtormon, kiu tiam furiozis kun nemalpliiĝanta perforto ĉie tra la ĉefurbo. Tio, kion mi nun ekrakontos rilate al la cirkonstancoj de ŝia martiriĝo, estas akirita de fidindaj informintoj, kelkaj el kiuj mem vidis la okazintaĵojn, kiujn mi provos priskribi. Ŝia restado en ṭihrán estis signita de multaj signoj de korinklino kaj alta estimo, kiujn la ĉefaj virinoj de la ĉefurbo sentis al ŝi. En tiuj tagoj ŝi ja atingis la plenan tajdon de sia populareco.[630] La domo, | en kiu ŝi estis malliberigita, estis sieĝata de ŝiaj admirantoj, kiuj amasiĝis al ŝiaj pordoj, avidaj atingi ŝian ĉeeston kaj serĉi la profiton de ŝia sciado.[631] Inter ĉi tiuj sinjorinoj, la edzino de Kalántar[632] distingiĝis per la ega respekto, kiun ŝi montris al ṭáhirih. Kiel ŝia gastigantino ŝi enkondukis en ŝian ĉeeston la eminentulinaron de ṭihrán, servis ŝin kun eksterordinara entuziasmo, kaj ĉiam partoprenis por pliigi ŝian influon inter siaj kunulinoj. Personoj, kun kiuj la edzino de Kalántar intime interrilatis, aŭdis ŝin rakonti la jenon: „Unu nokton, dum

---

[628] “La eksterordinara heroeco, kun kiu Sulaymán Ňl'án elportis tiujn terurajn turmentegojn, estas konata, kaj mi multfoje aŭdis onin rakonti, kiel li ne ĉesis dum la longa angoro, kiun li elportis, atesti sian ĝojon, ke li estu konsiderita inda suferi martiriĝon pro la afero de sia Majstro. Li eĉ kantis kaj recitis versojn el poemoj, inter kiuj estis la jena: ′Mi revenis! Mi revenis! Mi venis voje de Šl'íráz! Mi venis kun allogaj mienoj kaj ĉarmoj! Tia estas frenezo de amanto!′′Pro kio vi ne dancas, demandis la ekzekutistoj mokeme, se vi trovas morton tiel agrabla?′′Mi dancu!′kriis Sulaymán Ňl'án. En unu mano la vinpokalo, en unu mano la harbukoj de la Amiko. Tia danco meze de la vendistarejo estas mia deziro!” 8”Historio de Vojaĝanto”, Noto T, pp. 333-4.) Li estis martirigita en Aŭgusto, 1852. “Kiam oni arestis Sulaymán Ňl'ánon, kaj, pro liaj fidela servado kaj lojaleco, strebis inklinigi lin per promesoj de rekompencoj de la suvereno, ke li forlasu la kredon, kiun li akceptis, li ne konsentis, sed respondis decideme: ′Lia Moŝto la reĝo havas rajton postuli de siaj servantoj fidelecon, lojalecon, kaj justecon, sed li ne rajtas intermeti sin en iliajn religiajn kredojn.′Sekve de ĉi tiu maltima parolmaniero, oni ordonis, ke en lian korpon estu traboritaj vundoj, kaj ke en ĉiun el ĉi tiuj vundoj ekbruligita kandelo estu enmetita kiel ekzemplo al aliaj. Alia viktimo estis sammaniere traktita. En ĉi tiu stato, antaŭitaj de menestraloj kaj tamburistoj, oni kondukis lin tra la bazaroj, kaj dume kun ridetanta vizaĝo li ripetadis la jenajn versojn:
′Feliĉa estas tiu, kiun amebriig′
Tiel venkis, ke li apenaŭ scias,
Ĉu ĉe la piedojn de l'Amat'
Laetas li!'
Kiam ajn unu el la kandeloj falis el liaj korpo, per la propra mano li levis ĝin, ekbruligis ĝin per la aliaj, kaj remetis ĝin. La ekzekutistoj, vidante en li tiajn ĝojegon kaj ravon, diris: ‘Se vi tiel multe sopiras martiriĝon, pro kio vi ne dancas?’ Ĉe tio li eksaltis kaj ekkantis versojn taŭgajn pri sia stato:
orel' ne malakriĝinta kaj subiĝinta plu
Pro nesci' rajtigas onin danci.
Malsaĝuloj dancas kaj saltetas en vendistarej':
Viroj dancas dum ilia sang' rapide fluas.
Kiam la memo estas mortigita, oni manfrapas ĝoje
Kaj dancas, ĉar el malbon' oni libera estas.'
Tiamaniere oni elkindukis tiujn ĉi du tra la pordego Šl'áh `Abdu'l-`Aýím. Kiam oni pretiĝis por dissegi tiun kuraĝulon, li eletendis siajn piedojn sen timo aŭ hezito, dum li recitis la jenajn versojn:
Mi malmulte taksas tiun ĉi korpon;
Spirit' de kuraĝul' malestimas sina domon teran.
Ponard' kaj grav' ŝajnas kiel bonodora ment'
Aŭ floroj por lumentornami mortfestenon.'”
(La “Táriňl'-i-Jadíd”, pp. 228-30)

[629] Se ni estas devigitaj rimarki unu konkludon pli ol alian per la reen-rigardo, kiun mi permesis al mi, tio estas, ke nobla kaj neplendema sindono estis admoninstruitaj de ĉi tiu nova kredo, kio ajn ĝi estu. Mi opinias, ke estas nur unu okazo, kiam babano malkonfesis pro premado aŭ minaco de suferado, kaj li revenis al la kredo kaj estis ekzekutita, antaŭ ol pasis du jaroj. Rakontoj pri belega heroeco lumigas la sangomakulitajn paĝojn de la babana historio. Sciomankaj kaj needukitaj kiel estas kaj estis multaj el ĝiaj sindediĉintoj, ili estas ankoraŭ pretaj morti pro sia religio, kaj la fajroj de Smith-filed ne ekbruligis pli noblan kuraĝon, ol tiu, kiu kontraŭstaris la pli subtilajn turmentantojn de ṭihrán. Gravaj do devus esti la doktrinoj de kredo, kiu povas veki en siaj sekvantoj tiel maloftegan kaj belegan spiriton de sinofero… Estas ĉi tiuj okazaĵetoj, elpuŝantaj de tempo al tempo siajn malbelajn trajtojn, kiuj pruvas, ke Persujo ankoraŭ ne estas tute libera, kaj kiuj iom ŝancelas tiujn, kiuj fanfaronas pri Irana civilizacio.” (“Persujo kaj la Persa Problemo”, de Lord Curzon, vol. 1, p.501.)

[630] Ŝi restis tie longtempe, akceptante tiom da vizitantoj, kiom da vizitantinoj. Ŝi fervoregigis tiujn ĉi per tio, ke ĉi elmontris al ili la malaltegan rolon, kiun Islámo difinis al virinoj. Ŝi logis ilin per tio, ke ŝi elmontris al ili la liberecon kaj la respekton, kiujn la nova religio donis al ili, kaj okazis multaj geedzaj scendoj, en kiuj la edzoj ne estis ĉiam venkintoj. Ĉi tiuj diskutoj estus daŭrintaj longtempe se Mírzá Áqá Khán-i-Núrí ne estus elektita Ṣadr-i-A'ýam. Efektive, la ĉefministro ordonis al ḥájí Mullá Mírzá Muḥammad Andirmání kaj al ḥájí Mullá 'Alí Kiní, ke ili iru vidi ŝin por esplori ŝiajn kredaĵojn. Estis sep konferencoj inter la du viroj kaj la malliberulino. Ŝi diskutis pasie kaj asertis, ke Báb estis la promesita kaj atendata Imám. Ŝiaj kontraŭuloj tiam rimarkigis al ŝi, ke laŭ la antaŭdiroj, la promesita Imám devus veni el Jábulqá kaj el Jábulsá. Ŝi fortege respondis, ke tio estas malvera kaj elpensita de hipokritaj tradicionistoj; ke tiuj du urboj ne ekzistas, kaj ke tio nur povus esti superstiĉo inda je malsanema cerbo. Ŝi malkaŝis la novan doktrinon, rimarkigis ĝian verecon, sed ĉiam penis kontraŭi la argumenton pri Jábulqá. Senpaciencigita, ŝi diris al ili: ‘La rezonoj, kiujn vi prezentas, estas tiuj de malklerega kaj stulta infano. Ĝis kiam vi firmtenos tiujn sensencaĵojn, tiujn mensogojn? Kiam do vi suprenrigardos al la Suno de Vero?’ Indignegigite de la blasfemo, ḥájí Mullá 'Alí ekstaris kaj forvenigis sian kunulon, dirante: ‘Kiajn diskutojn pli longajn ni povas fari kun senkredulino.’ Ili iris al la hejmo de unu el si kaj redaktis la verdikton, kiu, konstatanta ŝian malfidelecon kaj ŝian rifuzon pentofari, kondamnis ŝin al morto je nomo de la Korano!” (“Siyyid 'Alí-Muḥammad alnomita Báb,” de A. L. M. Nicolas, pp. 445-7.)

[631] “Dum ŝi estis malliberulino, okazis en la domo edziĝo de la filo de la Kalántar. Kompreneble, ĉiuj altrangulinoj estis invititaj ĉeesti. Sed, kvankam oni faris grandajn elspezojn por kunigi ĉiujn kutimajn amuzaĵojn por l afero, ili insistege petis, ke oni venigu Qurratu'l-'Aynon. Ĉi tiu apenaŭ estis enkondukita kaj komencis paroli, kiam oni forsendis la muzikistinojn kaj dancistinojn, kaj forgesinte ĉiujn sukeraĵojn, kiujn ili tiel ege ŝatas, ĉi tiuj sinjorinoj rigardis kaj atentis nur al Qurratu'l-'Ayn.” (Ibid., p. 448.)

[632] Maḥmúd Ňl'án-i-Kalántar, en kies gardon ŝi estis kondukita.

ṭáhirih estis gastanta en mia hejmo, mi estis alvokita al ŝi kaj trovis ŝin plene ornamita, vestita per vesto de neĝblanka silko. Ŝia ĉambro bonodoris plej elektindan parfumon. Mi esprimis al ŝi mian surprizon pri tiel neordinara vidaĵo. ‚Mi pretiĝas por renkonti mian Amaton,‘ ŝi diris, ‚kaj deziras liberigi vin el la zorgoj kaj maltrankvilaĵo de mia mallibereco.‘ Unue mi miregis, kaj ploris ĉe la penso disiĝi de ŝi. ‚Ne ploru,‘ ŝi provis trankviligi min. ‚La tempo de via plorado ankoraŭ ne venis. Mi deziras konfidi al vi miajn lastajn dezirojn, ĉar rapide alproksimiĝas la horo, kiam mi estos arestita kaj kondamnita suferi martiriĝon. Mi |petus al vi permesi vian filon akompani min al la loko de mia morto kaj certigi, ke la gardistoj kaj ekzekutisto, al kiuj mi estos transkondukita, ne devigos min demeti tiun ĉi veston. Estas ankaŭ mia deziro, ke mia kadavro estus ĵetita en kavaĵon, kaj ke tiu kavaĵo estu plenigita de tero kaj ŝtonoj. Tri tagojn post mia morto virino venos kaj vizitos vin, al kiu vi donos tiun ĉi pakaĵon, kiun mi nun transdonas al vi. Mia lasta peto estas, ke de nun vi permesu al neniu eniri en mian ĉambron. De nun ĝis la tempo, kiam mi estos vokita forlasi tiun ĉi domon, neniu estu permesita interrompi mian Diservon. Hodiaŭ mi intencas fasti – fasto, kiun mi ne finos ĝis mi staros antaŭ mia Amato.‘ Per ĉi tiuj vortoj ŝi ordonis al mi ŝlosi la pordon de ŝia ĉambro kaj ne malfermi ĝin ĝis sonoros la horo de ŝia foriro. Ŝi ankaŭ instigis al mi teni kiel sekreton la novaĵon pri ŝia morto ĝis la tempo, kiam ŝiaj malamikoj mem malkaŝus ĝin.

„La ega amo, kiun mi konservis por ŝi en mia koro, sola ebligis al mi plenumi ŝiajn instrukciojn. Se ne estus pro la deviga deziro, kiun mi sentis por plenumi ŝiajn dezirojn, mi neniam konsentus senigi min je unu momento de ŝia ĉeesto. Mi ŝlosis la pordon de ŝia ĉambro kaj retiriĝis al la mia en stato de neregebla malĝojo. Mi kuŝis sendorma kaj senkonsola sur mia lito. La penso pri ŝia alproksimiĝanta martiriĝo ŝirvundis mian animon. ‚Sinjoro, Sinjoro,‘ mi preĝis en mia malespero, ‚deturnu de ŝi, se estas Via deziro, la pokalon, kiun ŝiaj lipoj deziras trinki.‘ En tiuj tago kaj nokto, senpova deteni min, mi kelkafoje leviĝis kaj ŝtele iris al la sojlo de tiu ĉambro kaj staris silente ĉe ŝia pordo, avida aŭskulti al tio, kio ajn aŭdiĝus el ŝiaj lipoj. Mi estis ravita de la melodio de tiu voĉo, kiu unutone kantparolis laŭdojn al ŝia Amato. Mi apenaŭ povis stari, tiel granda estis mia maltrankvilo. Kvar horojn post sunsubiro mi aŭdis pordofrapadon. Mi rapidis tuj al mia filo kaj konigis al li la dezirojn de ṭáhirih. Li promesis plenumi ĉiun ordonon, kiun ŝi instrukciis al mi. Tiun nokton mia edzo okaze forestis. Mia filo, kiu malfermis la pordon, informis min, ke la farráshoj[633] de ‘Azíz Khán-i-Sardár |staras ĉe la pordo, postulantaj, ke ṭáhirih estu tuj transkondukita al ili. Mi ekteruriĝis pri la novaĵo, kaj, ŝanceliĝinte al ŝia pordo kaj per tremantaj manoj malŝlosinte ĝin, trovis ŝin vualita kaj preta forlasi sian apartamenton. Kiam mi eniris, ŝi estis paŝadanta tien kaj reen kaj psalmokantanta litanion esprimplenan de malĝojo kaj triumfo. Ŝi metis en mian manon la ŝlosilon de sia kofro, en kiu ŝi diris, ke ŝi lasis por mi kelkajn negravaĵojn kiel memoraĵon pri sia gastado en mia domo. ‚Kiam ajn vi malfermos tiun ĉi kofron,‘ ŝi diris, ‚kaj vidos la aĵojn en ĝi, mi esperas, ke vi rememoros min kaj ĝojos pri mia feliĉo.‘

„Per ĉi tiuj vortoj ŝi diris al mi sian lastan adiaŭon, kaj, akompante de mia filo, malaperis de antaŭ mi. Kiajn ekdoloregojn de angoro mi sentis, dum mi vidis ŝian belan formon malaperi malproksimen! Ŝi surseliĝis sur la ĉevalon, kiun la Sardár sendis al ŝi, kaj, eskortate de mia filo kaj aro de deĵorantoj, kiuj marŝis ambaŭflanke de ŝi, elrajdis al la ĝardeno, kiu estis estonta la sceno de ŝia martiriĝo.

„Tri horojn poste mia filo revenis, lia vizaĝo malseka pro larmoj, superŝutante per malbenoj la Sardáron kaj liajn malnoblajn helpantojn. Mi provis trankviligi lin, kaj sidiginte lin apud min, petis lin rakonti tiel plene kiel eble la cirkonstancojn de ŝia morto. ‚Patrino,‘ li plorĝemante respondis, ‚mi apenaŭ povas provi priskribi tion, kion miaj okuloj vidis.‘ Ni tuj iris al la ĝardeno Ilkhání[634] ekster la urbopordego. Tie mi trovis, je mia teruro, la Sardáron kaj liajn helpantojn en profundiĝintajn en agoj de diboĉo kaj honto, ruĝiĝintaj pro vino kaj ridegantaj. Alveninte al la pordego, ṭáhirih elseliĝis kaj, vokinte min al si, petis min agi kiel ŝia peranto kun la Sardár, kiun, ŝi diris, ŝi | sentis sin malinklina alparoli meze de lia brufestenado. ‚Ili ŝajne deziras strangoli min,‘ ŝi diris. ‚Antaŭ longa tempo mi flankenmetis silkan tuketon, kiu, mi esperis, estus uzita por ĉi tiu celo. Mi transdonas ĝin al vi kaj deziras, ke vi inklinigu tiun diboĉeman ebriulon uzi ĝin kiel ilon, per kio mortigi min.‘

„‘Kiam mi iris al la Sardár, mi trovis lin en stato de aĉa ebrieco. „Ne interrompu la gajecon de nia festeno!“ Mi aŭdis lin kriegi, dum mi alproksimiĝis al li. „Tiu aĉulino estu strangolita kaj ŝia kadavro estu ĵetita en kavaĵon!“ Mi miregis pri tia ordono. Opiniante, ke ne estus necese fari ian peton al li, mi iris al du el liaj deĵorantoj, kun kiuj mi jam konatiĝis, kaj donis al ili la tuketon, kiun ṭáhirih konfidis al mi. Ili konsentis plenumi ŝian peton. Tiun saman tuketon ili vindis ĉirkaŭ ŝia kolo kaj faris ĝin ŝia martirigilo. Mi rapidis tuj poste al la ĝardenisto kaj demandis lin, ĉu li povus sugesti lokon, kien mi povu kaŝi la kadavron. Je mia ĝojego li direktis min al puto, kiu estis ĵusfosita kaj lasita nefinita. Kun helpo de kelkaj aliaj mi mallevis ŝin en ŝian tombon kaj plenigis la puton de tero kaj ŝtonoj laŭ tia maniero, kiel ŝi mem deziris. Tiuj, kiuj vidis ŝin dum ŝiaj lastaj momentoj, estis profunde kortuŝitaj. Malhelmiene kaj silente ili malĝoje disiĝis, lasinte sian viktimon, kiu verŝis tiel daŭran brilecon sur ilian landon, kaŝitan sub amason da ŝtonoj, kiujn per la propraj manoj ili amasigis sur ŝin.‘

---

[633] Vidu la Glosaron.

[634] “Kontraů la angla vicambasadorejo kaj la turka ambasadorejo etendiăis sufiőe vasta placo, kiu malaperis de post 1893. Őirkaů la mezo de ői tiu placo, sed rektlinie kun la strato, staris kvin aů ses izolaj arboj signantaj la lokon, kie mortis la bábana heroino, őar en tiu tempo la ăardeno Ilňľání etendiăis ăis tie. Őe mia reveno en 1898 la loko estis jam malaperinta, okupita de modernaj konstruaŕoj, kaj mi ne scias, őu la nuna akirinto respektas tiujn arbojn, kiuj mano de piulo plantis.” (“Siyyid ‘Alí-Muḥammad alnomita Báb,” de A. L. M. Nicolas, p. 452.)

„Mi larmegis dum mia filo malkaŝis al mi tiun tragedian historion. Kaptis min tia emocio, ke mi malfortegiĝis kaj svenis. Kiam mi reviviĝis, mi trovis mian filon viktimo de angoro ne malpli ega, ol mia. Li kuŝis sur sia kanapo, plorante en pasio de sindono. Vidinte mian staton, li alproksimiĝis kaj konsolis min. ‚Viaj larmoj,' li diris, ‚malplaĉos al mia patro. Konsideroj pri rango kaj posteno sendube inklinigos lin forlasi nin kaj forigi ĉiajn ligilojn, kiuj ajn ligas lin al ĉi tiu hejmo. Se ni ne ĉesos larmi, li akuzos nin al Sháh Náṣiri'd-Dín kiel viktimojn de la | ĉarmo de malaminda malamikino. Li akiros la konsenton de la suvereno por nia morto, kaj kredeble per la propraj manoj mortigos nin. Pro kio ni, kiuj neniam akceptis tiun aferon, permesu, ke ni suferu tian sorton je liaj manoj? Ni nur defendu ŝin kontraŭ tiuj, kiuj denuncas ŝin kiel eĉ neadon de ĉasteco kaj honoro. Ni ĉiam kaŝu en niaj koroj nian amon por ŝi kaj asertu kontraŭ kalumnianta malamiko la rektecon de tiu vivo.'

„Liaj vortoj trankviligis mian internan maltrankvilon. Mi iris al ŝia kofro kaj, per la ŝlosilo, kiun ŝi donis al mi, malfermis ĝin. Mi trovis botelon da plej elektinda parfumo, apud kio kuŝis rozario, kolringo el koralo, kaj tri ringoj muntitaj kun gemoj el turkiso, sardonikso, kaj rubeno. Rigardadante ŝiajn surterajn apartenaĵojn, mi meditis pri la cirkonstancoj de tiu okazplena vivo, kaj rememoris kun mirobato ŝian sentiman kuraĝon, ŝian fervoron, ŝiajn altan devosenton kaj plenan sindonon. Mi rememoris ŝian literaturan scion, kaj primeditis la malliberigojn, la honton, kaj la kalumnion, kiujn ŝi kontraŭstaris kun tia suferkapablo, ke neniu alia virino en ŝia lando povus tian elmontri. Mi figuris al mi tiun allogan vizaĝon, kiu nun, ho ve, kuŝis kaŝita sub amaso da tero kaj ŝtonoj. La memoro pri ŝia pasia elokventeco varmigis mian koron, dum mi ripetis al mi la vortojn, kiuj tiel ofte aŭdiĝis el ŝiaj lipoj. La konscio pri la vasteco de ŝia sciado, kaj ŝia klereco pri la sankta Skribo de Islámo, ekiĝis en mian menson kun tia subito, ke ĝi maltrankviligis min. Super ĉio, ŝa pasia lojaleco al la Kredo, kiun ŝi akceptis, ŝia fervoro dum ŝi proparolis pro ĝia afero, la servadoj, kiujn ŝi donis al ĝi, la mizeroj kaj afliktadoj, kiujn ŝi suferis pro ĝi, la ekzemplo, kiun ŝi faris al ĝiaj sekvantoj, la antaŭenpuŝo, kiun ŝi donis al ĝia antaŭeniro, la nomo, kiun ŝi ĉizis por si en la koroj de siaj samlandanoj, ĉiujn ĉi mi memoris dum mi staris apud ŝia kofro, demandante al mi, kio povus inklinigi tian grandulinon forlasi ĉiujn riĉaĵojn kaj honorojn ĉirkaŭ si kaj dediĉi sin al la afero de nekonata junulo |de Shíráz. Kio povus estis la sekreto, mi pensis al mi, de la potenco, kiu forigis ŝin de ŝiaj hejmo kaj parencaro, kiu subtenis ŝin dum ŝia malserena kariero, kaj fine pelis ŝin al ŝia tombo? Ĉu tiu forto, mi meditis, povus esti de Dio? Ĉu povus esti, ke la mano de la Plejpotenculo gvidis ŝian destinon kaj direktis ŝian vojiron inter la danĝeroj de ŝia vivo?

„La trian tagon post ŝia martiriĝo,[635] alvenis tiu virino, kies viziton ŝi promesis. Mi demandis ŝian nomon, kaj sciiĝinte, ke ĝi estas la sama, kiel tiu, kiun Ṭáhirih diris al mi, transdonis al ŝi la pakaĵon konfiditan al mi. Mi neniam antaŭe konatiĝis kun tiu virino, nek mi iam vidis ŝin denove."[636]

La nomo de tiu senmortulino estis Fáṭimih, nomo, kiun ŝia patro donis al ŝi. Ŝi estis alnomita Umm-i-Salmih de siaj familio kaj parencaro, kiuj ankaŭ nomis ŝin Zakíyyih. Ŝi naskiĝis en la jaro 1233 p. H., [637] la sama jaro, kiu vidis la naskiĝon de Bahá'u'lláh. Ŝi havis tridek ses jarojn, kiam ŝi suferis martiriĝon en Ṭihrán. Estontaj generacioj povu prezenti indan rakonton pri tiu vivo, kiun ŝiaj samtempuloj ne sufiĉe ekkonis. Estontaj historiistoj sentu la plenan mezuron de ŝia influo, kaj enskribu la unikajn servojn, kiujn ĉi tiu grandulino donis al sia lando kaj ĝia popolo. La sekvantoj de la Kredo, kiun ŝi servis tiel bone, strebu sekvi ŝian ekzemplon, rakonti ŝiajn farojn, kolekti ŝiajn verkojn, malkaŝi la sekretojn de ŝiaj talentoj, kaj starigi ŝin por ĉiam en la memoro kaj korinklinoj de la popolo kaj gentoj de la tero. [638]

---

[635] Aŭgusto, 1852 p. Kr.

[636] Vidu Ŕurnalo de la Reăa Azia Societo, 1889, artikolo 6, p. 492.

[637] 1817-8 p. Kr.

[638] "Beleco kaj la virina sekso ankaŭ donis sian konsekron al la nova kredo, kaj la heroeco de la bela sed malbonsorta poetino de Qazvín, Zarrín-Táj (Krono el Oro), aŭ Qurratu'l-'Ayn (Konsolo de la Okuloj), kiu, demetinte la vualon, portis la misiistan torőon őien, estas unu el la plej kortuěaj epizodoj de moderna historio." ("Persujo kaj la Persa Problemo," de Lord Curzon, vol. 1, p. 497, noto 2.) "Nefniu memoro estas pli profunde respektegata aŭ ekbruligas pli grandan entuziasmon, ol ěia, kaj la influo, kiun ěi uzis dum sia vivodaŭro, ankoraŭ plialtigas ěian sekson." ("La Mezorienta Problemo," de Valentine Chirol, p. 124.) "La apero de tia virino kia Qurratu'l-'Ayn en iu lando kaj iu epoko estas maloftega fenomeno, sed en tia lando, kia estas Persujo, tio estas miregindaŕo – ja preskaŭ miraklo. Egale sekve de sia mirinda beleco, siaj maloftegaj talentoj de intelekto, sia fervora elokventeco, sia sentima sindono, kaj sia glora martiriăo, ěi esltaras nekompraeble kaj senmorta inter siaj samlandaninoj. Se la bábana religio havus nenian alian pretendon al grandeco, ői tio sufiőus – ke ăi naskis tian heroinon, kia estis Qurratu'l-'Ayn." ("Historio de Vojaăanto," Noto 2, p. 213.) "Preskaŭ la plej rimarkinda persono en la tuta afero estis la poetino Qurratu'l-'Ayn. Ěi estis konata pro siaj virteco, pieco kaj klereco, kaj fine konvertiăis leginte kelkajn versojn kaj admonojn de Báb. Ěi fariăis tiel forta en kredo, ke, kvankam ěi estis kaj riőa kaj nobela, tamen ěi cedis riőaŕojn, infanojn, nomon kaj rangon por servadi al sia Majstro kaj ekproklami kaj ekstarigi Lian doktrinon.... La beleco de ěia parolmaniero estis tia, ke ăi logis gastojn de geedziăa festeno, prefere ol aŭskulti al la muziko provizita de la gastiganto. Kaj ěiaj versoj estis inter la plej kortuěaj en la persa lingvo." ("La Eklumeto," de Sir Francis Younghusband, pp. 202-3.) "Rememorante la mallongan karieron de Qurratu'l-'Ayn, oni estas őefe impresita de ěia fajra entuziasmo kaj de ěia plena senmondeco. Efektive, la mondo estis al ěi kiel ăi estis onidire al Quddús, simpla plenmano da polvo. Ěi estis ankaŭ elokventa paroladistino kaj sperta pri la malsimplaj taktmezuroj de persa poezio. Unu el ěiaj malmultaj poemoj ăis nun eldonitaj estas de speciala intereso pro la kredo, kiun ăi esprimas, je la dia-homa karaktero de iu (ői tie nomita Sinjoro), kies pretendoj, kiam ili estos cititaj, estis ricevonta ăeneralan ekkonon. Kiu estis tiu Gravulo? Ěajnas, ke Qurratu'l-'Ayn opiniis lin esti prokrastema je prezentado de tiuj ői pretendoj. Őu estas iu, pri kiu oni povus pensi, krom Bahá'u'lláh? La poetino estis vera baháanino." ("La Akordiăo inter Gentoj kaj Religioj," de d-ro T. K. Cheyne, pp. 114,115.) "La rikolto semita de Qurratu'l-'Ayn en Islámaj landoj nun komencas aperi. Letero adresita al la "Christian Commonwealth" en la pasinta Junio informas nin, ke kvardek turkaj voőrajtpostulantinoj estas punekzilataj el Konstantinoplo al Aűor (tiel longe la malliberejo de Bahá'u'lláh): 'Dum la pasintaj kelkaj jaroj voőrajtaj ideoj disvastiăis silente malantaŭe en la haremoj. La viroj ne sciis pri tio; neniu sciis pri ăi; kaj nun subite la kluzo malfermiăis kaj la viroj de Konstantinoplo opiniis, ke estas necese turni sin al drastaj rimedoj. Voőrajtaj kluboj estis organizitaj, inteligentaj petskriboj enkorpigantaj la postulojn de la virinoj estis redaktitaj kaj cirkuligitaj; virinaj ŕuraloj kaj gazetoj ekiăis, eldonantaj bonegajn artikolojn; kaj publikaj kunvenoj estis kondukitaj. Tiam unu tagon la aninoj de ői tiuj kluboj –kvarcent el ili – deŕetis siajn vualojn. La serioza, fosilia klaso de socio estis ofendegita, la bonaj mahometanoj estis timegigitaj, kaj la registaro estis devigita agi. Ői tiuj kvarcent liberamaj virinoj estis apartigitaj en kelkajn grupojn. Unu aro da kvardek estas ekzilita al Aűor, kaj alvenos post kelkaj tagoj. Őiu parolas pri tio, kaj vere estas mirige vidi, kiel

||Alia eminentulo inter la disĉiploj de Báb, kiu mortis dum la tumulta tempo, kiu subpremis ṭihránon, estis Siyyid ḥusayn-i-Yazdí, kiu estis diktaskribisto de Báb kaj en Máh-Kú kaj en Chihríq. Tioma estis lia scio pri la instruoj de la Kredo, ke Báb, en Tabuleto skribita al Mírzá Yaḥyá instigis tiun ĉi serĉi klerecon de li pri tio, kio ajn rilatus al la sanktaj skriboj. Viro de rango kaj sperto, kiun Báb pleje fidis, kaj kun kiu li intime kunestis, suferis li post la martiriĝo de sia Majstro en Tabríz la angoron de longa mallibereco en la subtera malliberejo de ṭihrán, kiu mallibereco finiĝis per lia martiriĝo. Bahá'u'lláh multege helpis moderigi|la malfacilaĵojn, kiujn li suferis. Regule ĉiumonata Li sendis al li financan helpon kioman li bezonis. Li esits laŭdata kaj admirata eĉ de la gardistoj, kiuj gardis lin. Lia longa kaj intima kuneco kun Báb dum la lastaj kaj plej malserenaj tago de Lia vivo profundigis lian komprenon kaj havigis al lia animo potencon, kiun li estis destinita elmontri pli kaj pli dum la tagoj de sia surtera vivo estis finiĝontaj. Li kuŝis en la malliberejo, sopirante la tempon, kiam li estu vokita suferi morton similan al tiu de sia Majstro. Senigita je la privilegio esti martirigita en la sama tago kiel Báb, privelegio, kies atingo estis lia ega deziro, li nun avide atendis la horon, kiam li siavice eltrinku la pokalon, kiu tuŝis Liajn lipojn. Multfoje la ĉefaj altranguloj de ṭihrán strebis inklinigi lin akcepti ilian proponon liberigi lin el la rigoroj de lia mallibereco, kiel ankaŭ de neceso atendi ankoraŭ pli kruelan morton. Li firme rifuzis. Larmoj fluis senĉese el liaj okuloj – larmoj estigitaj de lia sopiro vidi denove tiun vizaĝon, kies brileco tiel lumigis inter la mallumo de kruela enkarcerigo en Ádhirbáyján, kaj kies flamo varmigis la malvarmon de ĝiaj vintraj noktoj. Dum li meditis en la mallumo de sia karcero pri tiuj feliĉegaj tagoj pasigitaj en la ĉeesto de sia Majstro, venis al li Unu, kiu sola povus forpeli per la lumo de sia ĉeesto la angoron, kiu kaptis lian animon. Lia Konsolanto estis neniu alia, ol Bahá'u'lláh mem. Siyyid ḥusayn estis privilegiita resti kun Li ĝis la horo de sia morto. La mano de 'Azíz Khán-i-Sardár, kiu mortigis ṭáhirihon, estis la mano, kiu mortbatis la iaman kunmalliberulon kaj diktaskribiston de Báb en Ádhirbáyján. Ne estas necese, ke mi longe priparolu la cirkonstanco de la morto, kiun tiu sangavida Sardár suferigis sur lin. Sufiĉu diri, ke li ankaŭ, kiel tiuj, kiuj mortis antaŭe, trinkis en cirkonstancoj de hontinda krueleco la pokalon, kiun li tiel longe kaj tiel profunde sopiris.

Mi nun rakontos tion, kio okazis al la ceteraj kunuloj de Báb, tiuj, kiuj estis privilegiitaj partopreni la teruregojn de la mallibereco de |Bahá'u'lláh. El Liaj propraj lipoj mi ofte aŭdis la jenan rakonton: „Ĉiuj, kiuj estis mortfaligitaj de la ŝtormo, kiu furiozis dum tiu memorinda jaro en ṭihrán, estis Niaj sammalliberuloj en la Síyáh-Chál, kie Ni estis malliberigitaj. Ni estis ĉiuj kunamasigitaj en unu karcero, niaj piedoj en puntabuloj, kaj ĉirkaŭ niaj koloj estis ligitaj la plej pikaj ĉenoj. La aero, kiun ni spiris, estis ŝarĝita de plej malbonaj malpurecoj, dum la planko, sur kiu ni sidis, estis kovrita de malpuraĵoj kaj bsetetaĉoj. Nenia lumradio estis permesita penetri tiun pestan malliberejon subteran aŭ varmigi ĝian glacian malvarmegon. Ni estis lokigitaj en du vicojn, unu kontraŭ la alia. Ni instruis al ili ripeti certajn versojn, kiujn ĉiunokte ili psalmokantis kun ega fervoro. ‚Dio sufiĉas al ni, Li vere estas la Ĉiosufiĉa!' unu vico unutone kantparolis, dum la alia respondis: ‚Je Li la fidantoj fidu.' La ĥoro de ĉi tiuj ĝojemaj voĉoj elsonoradis ĝis frumatene. Ilia resonado plenigis la subteran malliberejon, kaj, penetrante ĝiajn masivajn murojn, atingis la orelojn de Sháh Náṣiri'd-Dín, kies palaco ne estis malproksime de la loko, kie ni estis malliberigitaj. ‚Kion signifas ĉi tiu bruo?' li laŭdire ekkriis. ‚Ĝi estas la antifono, kiun la bábanoj unutone kantparolas en sia malliberejo.' ili respondis. La Sháh ne faris aliajn rimarkigojn, kaj li ne provis haltigi la entuziasmon, kiun liaj malliberuloj, malgraŭ la teruroj de sia mallibereco, daŭris elmontri.

„Unu tagon oni alportis al Nia malliberejo ploton da rostviando, kiun, oni informis al Ni, la Sháh ordonis, ke ĝi estu disdonita inter la malliberuloj. ‚La Sháh,' oni diris al Ni, ‚plenumante ĵurpromeson, kiun li faris, elektis tiun ĉi tagon por proponi al vi ĉion ĉi ŝafidaĵon je plenumo de sia promeso.' Profunda silento kaptis Niajn kunulojn, kiuj atendis, ke Ni respondu pro ili. ‚Ni redonas tiun ĉi donacon al vi,' Ni respondis; ‚ni povas bone forlasi tiun ĉi proponon.' La respondo, kiun Ni faris, estus multe koleriginta la gardistojn, se ili ne estus avidaj manĝegi la manĝaĵon, kiun ni rifuzis tuŝi. Malgraŭ la malsato, |kiu afliktis Niajn kunulojn, nur unu inter ili, certa Mírzá ḥusayn-i-Mutavallíy-i-Qumí, montris ian deziron manĝi la manĝaĵon, kiun la suvereno elektis provizi antaŭ nin. Kun suferkapablo, kiu estis vere heroa, Niaj kunmalliberuloj submetiĝis senplende elporti la kompatigan staton, al kiu ili estis subigitaj. Laŭdado al Dio, anstataŭ plendoj pri la traktado montrita al ili de la Sháh, aŭdiĝis senĉese el iliaj lipoj -- laŭdado, per kiu ili strebis distri la malfacilaĵojn de kruela mallibereco.

„Ĉiun tagon Niaj gardistoj, enirinte Nian karceron, anoncis la nomon de unu el Niaj kunuloj, ordonante lin leviĝi kaj sekvi ilin ĝis la eŝafodo. Kun kia avido la posedanto de tiu nomo ĉiam respondis al tiu solena voko! Senkatenigita li

---

multnombraj estas tiuj, kiuj favoras forpreni la vualojn de la vizaăoj de la virinoj. Multaj viroj, kun kiuj mi parolis, opinias la moron esti ne nur arkaja, sed pensosufoka. La turkaj aůtoritatuloj, dezirante estingi tiun ői lumon de libereco, multe aldonis al ăia flamo, kaj ilia aůtokrata ago sufiőe multe helpis krei pli vastan publikan opinion kaj pli bonan komprenon pri ői tiu kriza problemo.'" (Ibid., pp. 115-16.) "La alia misiistino, la virino, pri kiu mi parolas, venis al Qazvín, kaj krom tio, ke ĕi estis la amata celo de respektego de la bábanoj, ĕi estis ankaů unu el la plej frapantaj kaj plej interesaj personoj de ői tiu religio." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," de la Comte de Gobineau, p. 136.) "Multaj personoj, kiuj konis kaj aůdis ĕin en diversaj periodoj de ĕia vivo, őiam rimarkigis al mi, ke kvankam ĕi estis tiel konata klerulino kaj legema, tamen la őefa eco de ĕia elparolado estis simpleco preskaů kortuĕa; kaj kiam ĕi parolis, oni diris, oni sentis sin profundanime kortuĕita, plena de admiro, kaj larmoj fluis el la okuloj." (Ibid., p. 150.) "Kvankam mahometanoj kaj bábanoj disvastigas nuntempe eksterordinarajn laůdadojn pri la beleco de Konsolo de la Okloj, tamen estas nepridiskuteble, ke la spirito kaj la karaktero de ői tiu juna virino estis ankoraů pli rimarkindaj. Pro tio, ke ĕi ofte, preskaů őiutage, helpis en laplej scioplenaj koncersaciaj temoj, ĕajnas, ke ĕi frue montris grandan intereson, kaj unu tagon oni trovis, ke ĕi tute kapablis kompreni la subtilajn diskutojn de sia patro, de sia onklo, de sia kuzo, kiu poste fariăis ĕia edzo, kaj eő rezoni kun ili, kaj ofte mirigi ilin pri la forto kaj akreco de sia inteligenteco. En Persujo oni malofte vidas virinojn turni sian spiriton al similaj aferoj, tamen tio ne estas fenomeno tute malofta; tio, kio estas őiam vere eksterordinare, estas renktoni virinon egalan al Qurratu'l-'Ayn. Ne nur pliigis ĕi sian sciadon pri la araba lingvo ăis kontraůkutima perfekteco, sed ĕi fariăis ankoraů pli eminenta en sciado de tradicioj kaj de la diversaj signifoj, kiujn oni povis apliki al pridiskutataj partoj de la Korano kaj de grandaj altranguloj. Fine en Qazvín oni konsideris ĕin kiel miregindulinon, kaj prave." (Ibid., p. 137)

ĉiufoje ekstariĝis kaj, en stato de neregebla ĝojego, alproksimiĝis kaj ĉirkaŭbrakis Nin. Ni strebis konsoli lin per certigo de eterna vivo en la proksima mondo, kaj, plenigante lian koron per espero kaj ĝojo, elsendis lin gajni la kronon de gloro. Li ĉirkaŭbrakis laŭvice siajn ceterajn kunmalliberulojn kaj tiam iris morti tiel heroe, kiel li vivis. Baldaŭ post la martirigo de ĉiu el ĉi tiuj kunuloj, informis Nin la ekzekutisto, kiu iĝis amika al Ni, pri la cirkonstancoj de la morto de sia viktimo, kaj pri la ĝojo, per kiu li elportis siajn suferadojn eĉ ĝis la fino.

„Unu nokton, antaŭ tagiĝo, vekis Nin Mírzá ‘Abdu’l-Vahháb-i-Shírází, kiu estis katenigita kun Ni al la samaj katenoj. Li forlasis Káẓimaynon kaj sekvis Nin al ṭihrán, kie li estis arestita kaj malliberigita. Li demandis al Ni, ĉu Ni maldormas, kaj ekrakontis al Ni sian sonĝon. ‚En ĉi tiu nokto,‘ li diris, ‚mi alten flugis en lokon de senlima vasteco kaj beleco. Ŝajnis, ke mi estis altigita per flugiloj, kiuj portis min ĉien, kien mi deziris iri. Sento de ĝojega ekstazo plenigis mian animon. Mi flugis meze de tiu vasteco kun tiaj rapideco kaj facileco, ke mi ne povas ilin priskribi.‘ ‚Hodiaŭ,‘ Ni respondis, ‚estos via vico sinoferi vin pro ĉi tiu Afero. Ke vi restu firma kaj konstanta ĝis la fino. Vi tiam trovos, ke vi flugas alte en tiu sama senlima loko, pri |kiu vi sonĝis, trairas kun la samaj facileco kaj rapideco la regnon de senmorta suverenco, kaj rigardadas kun tiu sama ekstazo la Senliman Horizonton.‘

„En tiu mateno la gardisto denove eniris en Nian karceron kaj elvokis la nomon de ‚Abdu’l-Vahháb. Deĵetante siajn katenojn, li ekstariĝis, ĉirkaŭbrakis ĉiujn siajn kunmalliberulojn, kaj, enbrakuminta Nin, premis Nin ameme al sia koro. En tiu momento Ni eltrovis, ke li ne havas ŝuojn. Ni donis al li la Niajn, kaj, parolinte lastan vorton kuraĝigan kaj ĝojigan, forsendis lin al la loko de lia martiriĝo. Poste lia ekzekutisto venis al Ni, laŭdante en flamaj vortoj la spiriton, kiun tiu junulo elmontris. Kiel dankemaj NI estis al Dio pro ĉi tiu atesto, kiun la ekzekutisto mem diris!“

Ĉiu ĉi tiu suferado kaj la kruela venĝo, kiun la aŭtoritatuloj suferigis sur tiujn, kiuj atencis la vivon de sia suvereno, ne satigis la koleron de la patrino de la Sháh. Tagon kaj nokton ŝi persistis sian venĝeman bruegadon, postulante la ekzekuton de Bahá’u’lláh, kiun ŝi ankoraŭ konsideris kiel la veran aŭtoron de la krimo. „Trankonduku lin al la ekzekutisto!“ ŝi insiste kriis al la aŭtoritatuloj. „Kiu pli granda malaltiĝo povus esti, ol tio, ke mi, kiu estas patrino de la Sháh, estu senpova suferigi sur tiun krimulon tiun punon, kiun tiel malnobla ago meritas!“ Ŝia krio por venĝo, kiun senpova kolerego emis plilaŭtigi, estis destinita resti sen respondo. Malgraŭ ŝiaj konspiroj, Bahá’u’lláh estis savita el la sorto, kiun ŝi tiel ripeteme strebis rapidigi. La Malliberulo estis fine liberigita, kaj Li sukcesis malkaŝi kaj starigi preter la limoj de la reĝolando de ŝia filo tian suverenecon, pri kies ebleco ŝi neniam estus povinta eĉ sonĝi. La sango verŝita dum tiu sortoplena jaro en ṭihrán de tiu heroa anaro, kun kiu Bahá’u’lláh estis malliberigita, estis la elaĉeto pagita por Lia liberiĝo el la mano de malamiko, kiu strebis malhelpi Lin atingi tiun celon, por kiu Dio destinis Lin. De la tempo, kiam Li alprenis la Aferon de Báb, Li neniam preterlasis unuopan okazon por probatali la Kredon, kiun Li akceptis. Li elmetadis |sin al la danĝeroj, kiujn la sekvantoj de la Kredo estis devigitaj kontraŭstari dum ĝiaj fruaj tagoj. Li estis la unua disĉiplo de Báb montri ekzemplon de abnegacio kaj servado al la Afero. Tamen, Lia vivo, tiel ĉirkaŭita de la riskoj kaj danĝeroj, kiujn tia kariero, kia estas Lia, certe devis renkonti, estis savita de tiu sama Providenco, kiu elektis Lin por tasko, kiun Li en sia saĝeco opiniis ankoraŭ tro frue proklami publike.

La teruro, kiu renversis ṭihránon, estis nur unu el la multaj riskoj kaj danĝeroj, al kiuj la vivo de Bahá’u’lláh estis elmetita. Viroj, virinoj kaj infanoj en la ĉefurbo tremis je la senkompato, per kiu la malamiko persekutis siajn viktimojn. Junulo nomita ‚Abbás, foje servanto de Hájí Suláymán Khán, kiu, pro la lasta rondo de amikoj, kun kiuj lia majstro konatiĝis, estis plene informita pri la nomoj, la nombro, kaj la loĝlokoj de la disĉiploj de Báb, estis uzita de la malamiko kiel helpilo por la plenumo de ĝiaj projektoj. Li dediĉis sin al la Kredo de sia Majstro kaj konsideris sin kiel unu el ĝiaj entuziasmaj subtenantoj. En la komenco de la tumulto li estis arestita kaj devigita malsekretigi ĉiujn, kiuj laŭ lia scio aliĝis al la Kredo. Ili strebis per ĉia rekompenso inklinigi lin malkaŝi tiujn, kiuj estis la kundisĉiploj de lia majstro, kaj avertis lin, ke, se li rifuzus malkaŝi iliajn nomojn, li estus subigita al kruelegaj torturoj. Li promesis, ke li agos laŭ iliaj deziroj kaj informos la helpantojn de ḥájí ‘Alí Khán, la ḥájibu’d-Dawlih, la Farrásh-Báshí, pri iliaj nomoj kaj loĝadejoj. Li estis kondukita tra la stratoj de ṭihrán kaj ordonita rimarkigi ĉiun, kiun li renkontis kaj konis, estis tiamaniere transkondukitaj al la helpantoj de ḥájí ‘Alí Khán – personoj, kiuj neniam havis ian rilaton kun Báb kaj Lia Afero. Ĉi tiuj povis reliberiĝi nur post tiam, kiam ili pagis grandan subaĉetaĵon al tiu, kiuj kaptis ilin. Tioma estis la avideco de la deĵorantoj de la ḥájibu’d-Dawlih, ke ili speciale petis al ‚Abbás saluti, kiel signo de malsekretigo, ĉiun personon, kiu, laŭ lia opinio, volus kaj povus pagi |grandajn sumojn por sia reliberiĝo. Ili eĉ devigis lin malkaŝi tiujn personoj, minacante, ke lia rifuzo estus ŝarĝita de granda danĝero al sia propra vivo. Ili ofte promesis doni al li parton de la mono, kiun ili decidis eldevigi de siaj viktimoj.

Ĉi tiu ‘Abbás estis kondukita al la Síyáh-Chál kaj enkondukita al Bahá’u’lláh, kiun li renkontis antaŭe kelkafoje kune kun sia majstro en la espero, ke li malkaŝus Lin. Ili promesis, ke la patrino de la Sháh sufiĉege rekompensus lin por tia malkaŝo. Ĉiufoje, kiam li estis kondukita en la ĉeeston de Bahá’u’lláh, post kiam li staris kelkajn momentojn antaŭ Li kaj rigardadis Lian vizaĝon, ‚Abbás forlasis la lokon, forte neante, ke li iam vidis Lin. Malsukcesinte en siaj penadoj, ili turnis sin al veneno en la espero akiri la favoron de la patrino de sia suvereno. Ili sukcesis haltigi la manĝaĵojn, kiujn ilia Malliberulo estis permesita ricevi en sia hejmo, kaj miksis en ilin la venenon, kiu, ili esperis, mortigus Lin. Ĉi tiu rimedo, kvankam ĝi difektis la sanon de Bahá’u’lláh dum jaroj, tamen ne atingis sian celon.

La malamikoj estis fine inlklinigitaj ĉesi konsideri Lin kiel la ĉefan instiginton de tiu atenco, kaj decidis transporti la respondecon pro ĉi tiu ago sur ‘Azímon, kiun ili nun akuzis esti la vera aŭtoro de la krimo. Tiamaniere ili penis havigi al si la favoron de la patrino de la Sháh, favoro, kiun ili ege deziris. ḥájí ‘Alí Khán estis ja tre feliĉa subteni iliajn

penojn. Pro tio, ke li mem ne partoprenis en la malliberigo de Bahá'u'lláh, li kaptis tiun ĉi okazon por denunci 'Azímon, kiun li jam sukcesis aresti, kiel la ĉefan kaj respondecan instiginton.

La rusa ministro, kiu, pere de unu el siaj perantoj, observadis la disvolvadon de la situacio kaj daŭre informiĝadis pri la stato de Bahá'u'lláh, skribis pere de sia tradukisto forte esprimitan komunikon al la Granda Vazír, en kiu li protestis kontraŭ ties ago, sugestante, ke sendito kune kun unu el la fidindaj resprezentantoj de la registaro kaj de ḥájibu'd-Dawlih, iru al la Síyáh-Chál kaj tie petu al la nove akuzita ĉefo |deklari publike sian opinion rilate al la posteno de Bahá'u'lláh. „Kion ajn tiu ĉefo deklaros," li skribis, „ĉu laŭde ĉu denunce, tio, laŭ mia opinio, devus estis tuj skribita, kaj ĝi servu kiel bazo por la fina juĝo en ĉi tiu sfero."

La Granda Vazír promesis al la tradukisto, ke li sekvos la konsilon de la ministro, kaj eĉ difinis tempon, kiam la sendito kuniĝu kun la registara reprezentanto kaj ḥájibu'd-Dawlih kaj iru kun ili al la Síyah-Chál.

Kiam oni demandis al 'Azím, ĉu li konsideras Bahá'u'lláhon kiel la respondecan ĉefon de la aro, kiu atencis la vivon de la Sháh, li respondis: „La Ĉefo de ĉi tiu komunumo estis neniu alia, ol Siyyid-i-Báb, kiu estis mortigita en Tabríz, kaj kies martirigo inklinigis min leviĝi kaj venĝi Lian morton. Mi sola elpensis tiun ĉi planon kaj penis plenumi ĝin. La junulo, kiu ĵetis la Sháh de sur lia ĉevalo, estis neniu alia, ol ṣádiq-i-Tabrízí, servisto en konfitaĵejo en ṭihrán, kiu antaŭe deĵoris ĉe mi dum du jaroj. Li estis flamigita per deziro eĉ pli brulanta ol la mia venĝi la martirigon de sia Ĉefo. Tamen, li agis tro rapide kaj ne certigis la sukceson de sia provo."

La vortoj de lia deklaro estis skribitaj kaj de la tradukisto de la ministro kaj de la reprezentanto de la Granda Vazír, kiuj antaŭmetis siajn skribaĵojn antaŭ Mírzá Áqá Khánon. La dokumentoj transdonitaj al li ĉefe respondecis la liberigon de Bahá'u'lláh.

'Azím estis tial transkondukita al la 'ulamá, kiuj, kvankam mem dezirantaj rapidigi lian morton, tamen estis malhelpitaj de la hezito de Mírzá Abu'l-Qásim, la Imám-Jum'ih de ṭihrán. Pro la proksimeco de la monato Muḥarram, ḥájibu'd-Dawlih inklinigs al la 'ulamá kuniĝi sur la supren etaĝon de la kazerno, kien li sukcesis okazigi la ĉeeston de la Imám-Jum'ih, kiu ankoraŭ persistis en sia rifuzo konsenti al la mortigo de 'Azím. Li ordonis, ke la akuzito estu kondukita al tiu loko kaj tie atendu la juĝon proklamotan kontraŭ li. Li estis malafable kondukita |tra la stratoj, mokita kaj insultitat de la vulgarularo. Pere de ruzo, kiun la malamiko elpensis, ili sukcesis akiri mortkondamnon. Siyyid armita per bastonego alkuregis al li kaj frakasis lian kapon. Lian ekzempon sekvis la homoj, kiuj, kun bastonoj, ŝtonoj kaj ponardoj, ĵetis sin sur lin kaj dismembrigis lian korpon. ḥájí Mírzá Jání ankaŭ estis inter tiuj, kiuj suferis martiriĝon dum la maltrankvilo, kiu sekvis la atencon sur la vivon de la Sháh. Pro la malinklino de la Granda Vazír malutili lin, li estis sekrete mortigita.

La fajrego ekbruligita en la ĉefurbo disvastiĝis al la apudaj provincoj, lasante post si dezertigon kaj mizeron al sennombraj senkulpuloj inter la regantoj de la Sháh. Ĝi ruinigis Mázindaránon, la hejmon de Bahá'u'lláh, kaj estis signalo por perfortaĵoj direktitaj plejparte kontraŭ ĉiuj Liaj posedaĵoj en tiu provinco. Du el la sindonaj disĉiploj de Báb, Muḥammad-Taqí Khán kaj ‚Abdu'l-Vahháb, ambaŭ loĝantoj de Núr, suferis martiriĝon rezulte de tiu tumulto.

Trovinte je sia malkontento, ke la liberigo de Bahá'u'lláh el la malliberejo estas preskaŭ certigita, la malamikoj de la Kredo strebis per timigado da sia suvereno, impliki Lin en novajn komplikaĵojn kaj tiele okazigi Lian mortigon. La malsaĝeco de Mírzá Yaḥyá, kiu, pelite per siaj vanaj esperoj, strebis havigi por si kaj la aro de siaj malsaĝaj subtenantoj superecon, kiun ĝis nun li vane penadis akiri, servis al la malamiko kiel plia preteksto por instigi la Sháh draste klopodi por la detruo de iu ajn influo, kiun lia Malliberulo ankoraŭ retenis en Mázindarán.

La timegigaj raportoj ricevitaj de la Sháh, kiu apenaŭ resaniĝis el siaj vundoj, instigis en li teruran soifon al venĝo. Li vokis al si la Grandan Vazír kaj mallaŭdis lin pro tio, ke li malsukcesis daŭrigi ordon kaj disciplinon inter la homoj de sia propra provinco, kiuj estis ligitaj al li per ligiloj de parencaro. Maltrankviligite de la mallaŭdo de sia suvereno, li esprimis sian pretecon plenumi kion ajn tiu ordonus al li fari. Li estis ordonita sendi tuj al tiu provinco kelkajn regimentojn, |kun severaj ordonoj subpremi per senkompata mano la maltrankviligantojn de la publika paco.

Kvankam li bone sciis la troigitan karakteron de la raportoj, kiujn oni antaŭmetis antaŭ lin, tamen, pro la insisto de la Sháh, la Granda Vazír trovis sin devigita ordoni, ke oni sendu la regimenton Sháh-Sún, sub estrado de ḥusayn 'Alí Khán-i-Sháh-Sún, al la vilaĝo Tákur en la distrikto Núr, kie estis lokita la hejmo de Bahá'u'lláh. Li donis la ĉefan komandon al sia nevo, Mírzá Abú-ṭálib Khán, bofrato de Mírzá ḥasan, kiu lasta estis duonfrato de Bahá'u'lláh. Mírzá Áqá Khán instigis al li uzi la plejajn singardemon kaj sindetencon dum sia entendiĝo en tiu vilaĝo. „Kiajn ajn troaĵojn viaj soldatoj faros," li sugestegis al li, „ili kontraŭagos malfavore kontraŭ la prestiĝo de Mírzá ḥasan kaj estos kaŭzo de malĝojo al via propra fratino." Li ordonis al li esplori la karakteron de ĉi tiuj raportoj kaj entendiĝi dum pli ol tri tagoj en la proksimeco de tiu vilaĝo.

La Granda Vazír poste vokis al si ḥusayn-'Alí Khánon kaj admonis lin, ke li kondutu sin plej prudente kaj saĝe. „Mírzá Abú-ṭálib," li diris, „estas ankoraŭ juna kaj sensperta. Mi speciale elektis lin pro lia parenceco al Mírzá ḥasan. Mi esperas, ke pro sia fratino li detenos sin de okazigo de nenecesa malutilo al la loĝantoj de Tákur. Pro tio, ke vi estas pli aĝa kaj pli sperta, ol li, vi devos montri al li noblan ekzemplon kaj impresi sur lin la neceson servi la interesojn kaj de la registaro kaj de la vilaĝanoj. Neniam permesu al li enterpreni iajn procedojn sen antaŭa konsiliĝo kun vi." Li certigis al ḥusayn-'Alí Khán, ke li sendis skribitajn instrukciojn al la ĉefoj de tiu distrikto, petante al ili helpi lin laŭbezone.

Mírzá Abú-ṭálib Khán, ekscitite pro fiero kaj entuziasmo, forgesis la konsilojn de modereco, kiujn la Granda Vazír donis al li. Li rifuzis esti influata de la urĝaj elpetoj de ḥusayn-‘Alí Khán, kiu petegis al li ne instigi nenecesan konflikton kontraŭ la loĝantoj. Tuj kiam li atingis |la intervojon, kiu apartigas la distrikton Núr de la apuda provinco, kiu ne estas malproksima de Tákur, li ordonis al siaj soldatoj pretiĝi por atako kontraŭ la homoj de tiu vilaĝo. ḥusayn-‘Alí Khán kuris al li malespere kaj petegis al li deteni sin de tia ago. „Estas por mi,“ Mírzá Abú-ṭálib fierege rediris, „kiu estas via superulo; decidi, kiel klopodi kaj kiamaniere mi servu al mia suvereno.“

Neatendita atako estis komencita kontraŭ la sendefendaj homoj de Tákur. Suprizitaj de tiel neatendita kaj furioza ekatako, ili alpetis al Mírzá ḥasan, kiu petis enkondukon al la ĉeeston de Mírzá Abú-ṭálib, sed oni rifuzis al li enlason. „Diru al li,“ estis la komuniko de la komandanto, „ke mi estas ordonita de mia suvereno ordoni amasan buĉadon de la homoj de ĉi tiu vilaĝo, kapti ĝiajn virinojn kaj konfiski iliajn propraĵojn. Tamen, pro vi mi estas volonta indulgi al tiuj virinoj, kiuj rifuĝos al vian domon.“

Indigna pri ĉi tiu rifuzo, Mírzá ḥasan severe mallaŭdis lin kaj, denuncinte la agon de la Sháh, reiris hejmen. La viroj de tiu vilaĝo dume forlasis siajn loĝadejojn kaj rifuĝis inter la apudajn montojn. Iliaj virinoj, forlasitaj al sia sorto, foriris al la hejmo de Mírzá ḥasan, al kiu ili petegis protekti ilin de la malamiko.

La unua go de Mírzá Abú-ṭálib Khán estis direktita kontraŭ la domo, kiun Bahá’u’lláh heredis de la Vazír, Lia patro, kaj de kiu Li estis la sola posedanto. Tiu domo estis reĝe meblita kaj ornamita per ujoj de netaksebla valoro. Li ordonis al siaj soldatoj rompmalfermi ĉiujn ĝiajn trezorejojn kaj forpreni iliajn enhavaĵojn. Tiujn aĵojn, kiujn li ne povis forporti, li ordonis esti detruitaj. Kelkaj estis frakasitaj, aliaj estis bruligitaj. Eĉ la ĉambroj, kiuj estis pli majestaj, ol tiuj de la palacoj de ṭihrán, estis neripareble difektitaj; la traboj estis forbruiligitaj kaj la ornamaĵoj tute ruinigitaj.

Li poste turnis sin al la domoj de la loĝantoj, kiujn li nivelis ĝis la tero, alpropriginte al si kaj siaj soldatoj, kiajn ajn valoraĵojn |ili entenis. La tuta vilaĝo, prirabita kaj forlasita de ĝiaj viroj, estis forbruligita. Pro tio, ke li ne povis trovi iajn fortikajn virojn, li ordonis, ke oni serĉu inter la apudaj montoj. Ĉiuj trovitoj estu aŭ pafmortigitaj aŭ kaptitaj. Ili povis trovi nur kelkajn majunulojn kaj ŝafistojn, kiuj estis senpovaj iri pli malproksimem en sia forkuro de la malamiko. Ili ektrovis du virojn, kiuj kuŝis malproksime sur montdeklivo apud fluanta rivereto. Iliaj armiloj lumetantaj sub la sunradioj malsekretigis ilin. Trovinte ilin dormantaj, ili pafis sur ambaŭ ilin de trans la rivereto, kiu intervenis inter la atakantoj kaj iliaj viktimoj. Ili rekonis ilin kiel ‘Abdu’l-Vahhábon kaj Muḥammad-Taqí Khánon. La unua estis pafmortigita, dum la dua estis forte vundita. Oni portis ilin en la ĉeeston de Mírzá Abú-ṭálib, kiu faris sian plejan bonon por daŭrigi la vivon de la viktimo, kiun, pro ties ĉiekonata kuraĝo, li deziris konduki kun si al ṭihrán kiel trofeon de sia venko. Tamen, liaj penoj malsukcesis, ĉar du tagojn poste Muḥammad-Taqí Khán mortis pro siaj vundoj. La malmultaj viroj, kiujn ili povis kapti, estis kondukitaj katenigitaj al ṭihrán kaj ĵetitaj en la saman subteran malliberejon, kie Bahá’u’lláh estis malliberigita. Inter ili estis Mullá ‘Alí-Bábá, kiu, kune kun pluraj el siaj kun malliberuloj, pereis en tiu subtera malliberejo rezulte de la malfacilaĵoj, kiujn li elportis.

En la proksima jaro ĉi tiu sama Mírzá Abú-ṭálib estis pestfrapita kaj portita en stato de aĉa mizero al Shimírán. Evitita eĉ de siaj plej proksimaj parencoj, li kuŝis en sia lito ĝis ĉi tiu sama Mírzá ḥasan, kiun li tiel fierege insultis, proponis flegi liajn ulceretojn kaj esti kun li en liaj tagoj de malaltiĝo kaj soleco. Li estis mortanta, kiam la Granda Vazír vizitis lin kaj trovis neniun ĉe lia lito krom tiu, kiun li tiel malĝentile traktis. En tiu sama tago tiu aĉa tirano mortis, amare ĉagrenita pri la malsukceso de ĉiuj esperoj, kiujn li ameme gardis en si.

La tumulto, kiu kaptis ṭihránon, kaj kies efikojn oni forte sentis |en Núr kaj la ĉirkaŭa distrikto, disvastiĝis ĝis Yazd kaj Nayríz, kie sufiĉe granda nombro de la disĉiploj de Báb estis kaptitaj kaj kruelege martirigitaj. Ŝajni ja, ke la tuta Persujo sentis la teruron de tiu granda konvulsio. Ĝia tajdo fluis ĝis la plej malproksimaj vilaĝetoj de la malproksimaj provincoj kaj postlasis nedireblajn suferojn al la restaĵo de persekutata komunumo. Guberniestroj, ne malpli ol siaj subuloj, flamigitaj de avido kaj venĝo, kaptis la okazon por riĉigi sin kaj akiri la favoron de sia suvereno. Sen kompato, modereco, aŭ honto, ili uzis siajn rimedojn, kiel ajn malnoblaj kaj kontraŭleĝaj, por eldevigi de la senkulpuloj la profitojn, kiujn ili mem deziregis. Forlasinte ĉiun principon de justeco kaj bonmoreco, ili arestis, malliberigis, kaj turmentegis ĉiun, kiun ili suspektis estis bábano, kaj rapidis informi al Sháh Násiri’d-Dín en ṭihrán pri la venkoj atingitaj super malamegata kontraŭulo.

En Nayríz la plenaj efikoj de tiu tumulto malkaŝis sin en la traktado montrita de ĝiaj regantoj kaj homoj al la sekvantoj de Báb. Proksimume du monatojn post la atenco sur la vivon de la Sháh, junulo nomita Mírzá ‘Alí, kies escepta kuraĝo gajnis por li la alnomon ‘Alíy-i-Sardár, distingiĝis per la ega zorgemo, kiun li montris al la postvivantoj de la batalo, kiu finiĝis per la morto de Vahíd kaj liaj subtenantoj. Oni ofte vidis lin en la noktomallumo elveni el sia ŝirmejo, portantan ĉian helpon laŭ sia povo al la vidvinoj kaj orfoj, kiuj suferis rezulte de tiu tragedio. Al la necesbezonaj li disdonis manĝaĵojn kaj vestojn kun nobla malavaro, flegis iliajn vundojn, kaj konsolis ilin en ilia malĝojo. La vido de la daŭraj suferoj de ĉi tiuj senkulpuloj ekscitis la furiozan indignon de kelkaj kunuloj de Mírzá ‘Alí, kiuj enterprenis elfari sian venĝon sur Zaynu’l-‘Abidín Khán, kiu ankoraŭ loĝis en Nayríz, kaj kiun ili konsideris kiel la aŭtoron de iliaj malfeliĉoj. Opiniante, ke li ankoraŭ deziris en sia koro subigi ilin al eĉ pliaj afliktoj, ili decidis mortigi lin. Ili suprizatakis lin en la publika banejo, kie ili sukcesis |plenumi sian celon. Ĉi tio kondukis al ega tumulto, kiu rememorigis en siaj finaj gradoj la teruregon de la buĉadoj de Zanján.

La vidvino de Zaynu'l-'Abidín Khán instigis al Mírzá Na'ím, kiu superis en aŭtoritato kaj tiam loĝis en Shíráz, ke li venĝu la sangon de ŝia edzo, promesante, ke siavice ŝi donacus ĉiujn siajn juvelojn al li kaj transdonus al lia nomo tion, kion ajn li dezirus el ŝiaj posedaĵoj. Pere de perfido la aŭtoritatuloj sukcesis kapti sufiĉe grandan nombron el la sekvantoj de Báb, multaj el kiuj estis sovaĝe batitaj. Ĉiuj estis ĵetitaj en malliberejon ĝis ricevo de instrukcioj el ṭihrán. La Granda Vazír antaŭmetis la liston de la nomoj, kiujn li ricevis, kune kun la raporto, kiu akompanis ĝin, antaŭ la Sháh, kiu esprimis sian egan kontenton pri la sukceso de la penadoj de sia reprezentanto en Shíráz, kiun li sufiĉege rekompensis pro lia rimarkinda servo. Li petis, ke ĉiuj kaptitoj estu kondukitaj al la ĉefurbo.

Mi ne provos priskribi la diversajn cirkonstancojn, kiuj kondukis al la buĉado, kiu signis la finon de tiu epizodo. Mia leganto turnu sin al la vivovera kaj detala historio, kiun Mírzá Shafí'i-Nayrízí verkis en aparta libreto, en kiu li aludas kun precizo kaj forto al ĉiu detalo de tiu kortuŝa okazaĵo. Sufiĉu diri, ke ne malpli, ol cent kaj okdek el la bravaj disĉiploj de Báb suferis martiriĝon. Simila nombro estis vunditaj kaj, kvankam malkapabligitaj de siaj vundoj, tamen ili estis ordonitaj foriri al ṭihrán. Nur dudek ok personoj inter ili postvivis la malfacilaĵojn de la vojaĝo al la ĉefurbo. El ĉi tiuj dudek ok, dekkvin estis kondukitaj al la eŝafodo en la sama tago de sia alveno. La ceteraj estis ĵetitaj en malliberejon kaj devis suferi dum du jaroj plej terurajn kruelegaĵojn. Kvankam fine liberigitaj, tamen multaj el ili pereis survoje hejmen, tutlacigitaj de la suferoj de longa kaj kruela kaptiteco.

Granda nombro el iliaj kundisĉiploj estis mortigitaj en Shíráz laŭ ordono de ṭamásb-Mírzá. La kapoj de ducent el ĉi tiuj viktimoj estis |metitaj sur bajonetoj kaj portitaj triumfe de iliaj persekutintoj al Ábádih, vilaĝo en Fárs. Ili intencis transporti ilin al ṭihrán, kiam reĝa sendito ordonis al ili forlasi sian projekton, ĉe kio ili decidis enterigi la kapojn en tiu vilaĝo.

Rilate al la virinoj, kiuj nombri sescent, duono el ili estis liberigitaj en Nayríz, dum la ceteraj, po du devigitaj rajdi kune sur sensela ĉevalo, estis kondukitaj al Shíráz, kie, post kiam ili estis subigitaj al severaj turmenetoj, estis forlasitaj al sia sorto. Multaj pereis survoje al tiu urbo; multaj mortis pro la afliktoj, kiun ili devis elporti, antaŭ ol ili reakiris sian liberecon. Mia plumo detiras sin pro teruro en sia provo priskribi tion, kio okazis al tiuj bravaj geviroj, kiuj estis devigitaj suferi tiel severe pro sia Kredo. La senkonsidera barbareco, kiu karakterizis la traktadon montritan al ili, atingis la plej malaltajn profundojn de malbono en la finaj gradoj de tiu prilamentinda epizodo. Tio, kion mi provis rakonti pri la teruroj de la sieĝo de Zanján, pri la indignindaĵoj, per kiuj oni superŝutis ḥujjaton kaj liajn sekvantojn, paliĝis antaŭ la senhonta kruelego de la abomenoj krimfaritaj kelkajn jarojn poste en Nayríz kaj Shíráz. Mi esperas, ke plumo pli kapabla ol mia priskribi en ĉiuj iliaj tragediaj detaloj tiujn ĉi nedireblajn sovaĝaĵojn, troviĝos por skribi historion, kiu, kiel ajn timigaj estu ĝiaj karakterizaĵoj, devas ĉiam resti kiel unu el la plej noblaj atestaĵoj de la kredo, kiun la Afero de Báb kapablis inspiri en Liaj sekvantoj.[639]|||La konfeso de 'Azím liberigis Bahá'u'lláhon el la danĝero,

---

[639] "Strange, oni respektis la virinojn, kiujn oni kunigis kaj kondukis al la monto Bíyábán. Estis inter ili du maljunuloj, kiuj estis tro malfortaj por milito: Mullá Muḥammad-Músá, feltisto, kaj Mašľhadí Báqir, tinkturisto. Oni mortigis ilin. Mašľhadí Báqir estis mortigita de 'Alí Big, kapitano de la Nayrízaj soldatoj. Li detranőis lian kapon kaj transdonis ăin al infano. Poste li prenis la nevinon de sia viktimo, metis nigran vualon sur ěian kapon, kaj surseliăinte, pelis ěin al Mírzá Na'ím. Ői tiu estis sur la monto Bíyábán, sidante sur ětono en ăardeno. Kiam 'Alí Big alvenis proksime al li, li ŕetis al li la kapon de Báqir, kaj abrupte puěante la knabineton, kiu falis vizaăalteren, li ekkriis: 'Ni faris tion, kion vi volas, la bábanoj ne ekzistas plu.' Laů ordono de Mírzá Na'ím, oni plenigis per tero la buěon de Áňľund Mullá 'Abdu'l-ḥusayn; poste Řľulám ekpafis sur lian kapon, sed ne mortigis lin. Estis őirkaů 603 virinoj arestitaj. Oni ekvojiris kun la malliberuloj ăis muelejo nomita Taňľt, kiu estas proksime al Nayríz. Nia aůtoro rakontas la jenan anekdoton kiel pruvon pri la kruelegeco de la venkintoj: 'Mi estis nur juna tiam,' diras li, 'kaj mi sekvis la patrinon, kiu havis alian filon pli junan ol mi. Iu nomita Asadu'lláh prenis mian fraton sur la ěultrojn kaj portis lin. La infano havis őapelon kun kelkaj ornamaŕoj. Kavaleriano akompananta nin vidis la őapelon, alproksimiăis kaj tiel perforte forprenis ăin, ke li prenegis samtempe la harojn de la infanento. La infano forruliăis dek metrojn de tie. Mia kompatinda patrino trovis lin sveninta.' Mi ne longe priskribos la teruregojn, kiuj sekvis tiun ői venkon. Sufiőu al ni scii, ke Mírzá Na'ím ekrajdis, antaůata kaj sekvata de homoj portantaj lancojn, sur kies pintojn oni metis la kapojn de la martiroj. Oni batpelis la malliberulojn per vipoj aů sabroj. Oni pelis la virinojn en fosaŕojn akvoplenajn. La nokton oni pasigis en karavana loăejo en Šľíráz. En la mateno oni elirigis la virinojn tute senvestaj kaj oni amuziăis per tio, ke oni batis ilin per la piedoj, per ětonoj, per bastono, oni kraőis sur ilin. Kiam oni laciăis pri tiu ludo, oni kondukis ilin al loka lernejo, kie ili restis 20 tagojn meze de insultoj kaj malhonorigoj. Okdek bábanoj ligitaj dekope estis konfiditaj al 100 soldatoj, por ke ői tiuj konduku ilin al Šľíráz. Siyyid Mír Muḥammad 'Abd mortis pro malvarmo en Ňľáni-gird, aliaj mortis pli malproksime. Oni detranőis iliajn kapojn proporcie. Fine ili eniris en Šľírázon tra la pordego Sa'dí. Oni promenigis ilin tra la stratoj, poste oni malliberigis ilin. Post 20 tagoj oni elirigis la virinojn el la kolegio, kie ili estis malliberigitaj, kaj oni apartigis ilin en du arojn. Unu aro estis liberigita, la alia estis kondukita al Šľíráz kun aliaj malliberuloj, homoj, kiuj estis arestitaj intertempe. Alveninte al Šľíráz, la karavano estis denove dupartigita. La virinoj estis kondukitaj al la karavana loăejo Šľáh-Mír 'Alí-ḥamzih, kaj la viroj iris kuniăi kun siaj samreligianoj en la malliberejo. La proksima tago estis festotago. La guberniestro, en la őeesto de őiuj altranguloj kaj nobeluloj en Šľíráz, venigis la malliberulojn antaů sin. Nayrízano nomita Jalál, kaj kiun Na'ím alnomis Bulbul, enterprenis malkaěi siajn samlandanojn. La unua prezenti sin estis Mullá 'Abdu'l-ḥusayn. Oni ordonis al li malbeni Bábon; li rifuzis tion fari kaj lia kapo rulis sur la teron. ḥájí, filo de Aṣřľar, 'Alí Garm-Sírí, filo de Hádí Ňľayrí, ṣádiq, filo de ṣálih, Muḥammad-ibn-i-Muḥsin, estis ekzekutitaj. La virinoj estis liberigitaj kaj la restantaj viroj estis malliberigitaj. Pro tio, ke la Šľáh postulis forsendon de la malliberuloj, 73 estis ekspeditaj al ṭihrán. Dudek du mortis survoje, kaj inter ili estis Mullá 'Abdu'l-ḥusayn, kiu mortis en Saydán; 'Alí, filo de Karbilá'í Zamán, en Ábádih; Akbar, filo de Karbilá'í Muḥammad, en Zinárih; ḥasan, filo de 'Abdu'l-Vahháb, Mullá 'Alí-Akbar, en Iṣfáhán; Karbilá'í Báqir, filol de Muḥammad-Zamán, ḥasan kaj lia frato Ďľu'l-Faqár, Karbilá'í Naqí kaj 'Alí, lia filo, Valí Ňľán, Mullá Karím, Akbar Ra'ís, Řľulám-'Alí, filo de Pír Muḥammad, Naqí kaj Muḥammad-'Alí, filo de Muḥammad, dumvojaăe. La ceteraj fine atingis ṭihránon, kaj en la sama tago de ilia alveno 15 el ili estis ekzekutitaj, interalie Aqá Siyyid 'Alí, tiu, kiun oni forlasis kiel mortinton, Karbilá'í Rajab, la razisto, Sayfu'd-Dín, Sulayman, filo de K. Salmán, Ja'far, Murád Ňľayrí, ḥusayn, filo de K. Báqir, Mírzá Abu'l-ḥasan, filo de Mírzá Taqí, Mullá Muḥammad-'Alí, filo de Áqá Mihdí. Dudek tri personoj mortis en la malliberejo, dektri estis liberigitaj post tri jaroj, la sola, kiu restis en ṭihrán kaj mortis tie post kelka tempo estis Karbilá'í Zaynu'l-'Ábidín." ("Siyyid 'Alí Muḥammad alnomita Báb," de A. L. M. Nicolas, pp. 421-4.) "Post kiam iliaj persekutantoj kaptis kaj mortigis la virojn, ili kaptis kaj mortigis kvardek virinojn kaj infanojn laů la jena maniero: Ili metis ilin en kavernon, amasigis en la kavernon grandegan kvanton da fajroligno, verěis nafton sur la disŕetitajn branőofaskojn, kaj ekbruligis ăin. Unu el tiuj, kiuj partoprenis tiun ői faron, rakontas jene: 'Post du aů tri tagoj mi supreniris tiun monton kaj forprenis la pordon de la kaveron. Mi vidis, ke la fajro cindriăis; sed őiuj tiuj virinoj kun siaj infanoj sidis, őiu en iu angulo, őirkaůpremantaj siajn etulojn al la brustoj, kaj sidantaj en rondo, ăuste kiel ili estis, kiam mi forlasis ilin. Kelkaj, kvazaů malespere aů malăoje, lasis la kapojn malaltiăis sur la genuojn pro aflikto, kaj őiuj restis en la prenitaj pozoj. Mi miregis, opiniante, ke la fajro ne bruligis ilin. Plena de sankta kaj solena timego mi eniris. Tiam mi vidis, ke őiuj estis bruligitaj kaj karbigitaj ăis cindroj, tamen ili faris nenian movon, kiu pecetigus la kadavrojn. Tamen, tuj kiam mi mantuěis ilin, ili cindriăis. Kaj kiam ni vidis tion, őiuj ni pentis pri tio, kion ni faris. Sed kiel tio valoris?" (La "Taríňľ-i-Jadíd," pp. 128-31.) "Finante tiun ői rakonton, la aůtoro de la 'Taríňľ-i-Jadíd' profitas la okazon por atentigi en tradicio, kiu aludas al la signoj, kiuj signos la aperon de la Imám Mihdí: 'En Li (estos) la perfekteco de Moseo, la altvaloreco de Jesuo, kaj la pacienco de Ijob; Liaj sanktuloj estos malaltigitaj dum Lia tempo, kaj iliaj kapoj estos interdisdonitaj kiel donacoj, eő tiel, kiel la

al kiu Lia vivo estis elmetita. La cirkonstancoj pri la morto de tiu, kiu deklaris sin la ĉefa instiganto de tiu krimo, emis malpliigi la koleregon, kun kiu koleregigita vulgarularo brupetis tujan punadon de tiel riska atenco. La krioj de kolerego kaj venĝo, la alpetoj por tuja puno, kiuj ĝis nun estis direktitaj kontraŭ Bahá'u'lláh, estis nun deturnitaj de Li. La furiozo de tiuj urĝaj denuncoj estis grade multe moderigitaj. La konvinko fariĝis pli firma en la mensoj de la respondecaj aŭtoritatuloj en ṭihrán, ke Bahá'u'llá, kiu estis ĝis nun konsiderita kiel la ĉefa malamiko de la Sháh Naṣiri'd-Dín, tute ne estis implikita en la konspiro kontraŭ la vivo de la suvereno. Mírzá Áqá Khán estis do inklinigita sendi sian fidindan reprezentanton, viro nomita ḥájí 'Alí, al la Síyáh-Chál, kaj prezenti la liberigan mandaton al la Malliberulo.

Ĉe sia alveno, tio, kion la sekreta sendito vidis, plenigis lin de malĝojo kaj surprizo. La vidaĵon antaŭ siaj okuloj li apenaŭ povis kredi. |Li ploris, kiam li vidis Bahá'u'lláhon katenigitan al planko sursvarmita de bestetaĉoj, Lian kolon ŝarĝitan de pikaj ĉenoj, Lian vizaĝon plenan de malĝojo, senordigitan kaj malarанĝitan, enspirantan la pestigan atmosferon de la plej terura subtera malliberejo. „Malbenita estu Mírzá Áqá Khán!“ li ekkriis, dum liaj okuloj rekonis Bahá'u'lláhon en la mallumo ĉirkaŭ Li. „Dio scias, ke mi neniam imagis, ke vi povus esti subigita al tiel malatiga kaptiteco. Mi neniam povus kredi, ke la Granda Vazír riskus fari tiel abomenegan agon.“

Li deprenis la mantelon de siaj ŝultroj kaj proponis ĝin al Bahá'u'lláh, petegante, ke Li portu ĝin, kia Li estos antaŭ la ministro kaj liaj konsilantoj. Bahá'u'lláh rifuzis lian peton, kaj, portante veston de malliberulo, iris tuj al la sidejo de la imperia registaro.

La unua vorto, kiun la Granda Vazír sentis sin ema alparoli al sia Kaptito estis la jena: „Se vi estus elektinta sekvi mian konsilon, kaj se vi estus disiĝinta de la kredo de Siyyid-i-Báb, vi neniam estus suferinta la dolorojn kaj indignindaĵojn, kiujn oni superŝutis sur vin.“ „Se vi viavice,“ Bahá 'u'lláh respondis, „estus sekvinta miajn konsilojn, la aferoj de la registaro ne estus atingintaj tiel krizan gradon.“

Li estis tuj remorigita pri la konversacio, kiun ĉi tiu havis kun Li okaze de la martirigo de Báb. La vortoj, „la flamo, kiu estas ekbruligita, eklfamegos pli furioze, ol iam,“ ekrevenis en la menson de Mírzá Áqá Khán. „La averto, kiun vi eldiris,“ li rimarkigis, „ho ve, estas plenumita. Kion vi konsilas al mi fari nun?“ „Ordonu al la guberniestroj de la regno,“ estis la tuja respondo, „ke ili ĉesu verŝi la sangon de la senkulpuloj, ke ili ĉesu rabi iliajn propraĵojn, ke ili ĉesu malhonorigi iliajn virinojn kaj malutili iliajn infanojn. Ili ĉesu persekuti la Kredon de Báb; ili forlasu la vanan esperon forviŝi ĝiajn sekvantojn.“

En tiu sama tago ordonoj estis donitaj pere de cirkulera letero al ĉiuj guberniestroj de la regno, ordonante al ili lasi siajn agojn de krueleco kaj honto. „Tio, kion vi faris, sufiĉas,“ Mírzá Áqá Khán skribis al il. „Ĉesu aresti kaj puni la homojn. Ne maltrankviligu plu la pacon kaj trankvilon de viaj samlandanoj.“ La registaro de la Sháh konsideradis pri la plej efikaj rimedoj pro liberigi la landon, unu fojon por ĉiam, el la malbeno, per kiu ĝi estis afliktita. Tuj kiam Bahá'u'lláh reakiris sian liberecon, estis donita al Li la decido de la registaro, kiu informis Lin, ke antaŭ ol pasos monato post la konigo de ĉi tiu ordono, oni atendos, ke Li kun sia familio foriru el ṭihrán al loko preter la limoj de Persujo.

La rusa ministro, tuj kiam li eklernis pri la projektita ago de registaro, pronis preni Bahá'u'lláhon sub sian protektadon, kaj invitis Lin iri al Rusujo. Li rifuzis la proponon kaj elektis anstataŭe iri al 'Iráq. Naŭ monatojn post sia reveno el Karbilá, en la unua tago de la monato Rabí'u'th-Tháni, en la jaro 1269 p. H.,[640] Bahá'u'lláh, akompanata de la anoj de sia familio, inter kiuj estis Plej Granda Branĉo[641] kaj Áqáy-i-Kalím[642], kaj eskortata de ano de la imperia korpogardistaro kaj reprezentanto de la rusa ambasadorejo, eliris el ṭihrán survoje al Baghdád.

---

kapoj de la turko kaj la daylamano estas interdisdonitaj kiel donacoj; ili estos mortigitaj kaj bruligitaj, kaj ili timos, ili estos timemaj kaj konsternitaj; la tero estos tinkturita de ilia sango, kaj lamentado kaj vekriado regos inter iliaj virinoj; ői tiuj estas ja miaj sanktuloj.' (Ői tiu tradicio, nomita ḥadíťľ-Jábir, estas ankaů citita en "Káfí." unu el la őefaj kompilaŕoj de Šľí'ihaj tradicioj, en la "Íqán.") "Kiam mi estis en Yazd frusomere en 1888, mi konatiăis kun bábano, kiu havis registaran postenon de ioma graveco, de el kies prapatroj elstare partoprenis en la subpremo de la Nayríza ribelo. Pri tio, kion li diris al mi rilate al tio ői, la jeno estas resumo el mia taglibro por la 18a de Majo, 1888: 'Mia patrinflanka avo Mihr-'Alí Ňľán Šľujá'u'l-Mulk kaj mia praonklo Mírzá Na'ím ambaů prenis ageman parton en la Nayríza milito – sed kun la malprava partio. Kiam ordonoj venis al Šľíráz subigi la ribelon, mia avo estis ordonita ekkomandi la ekspedicion senditan tiucele. Li ne ěatis la taskon komisiitan al li kaj konigis sian malinklinon al du el la 'ulamá, kiuj tamen trankviligis lin, deklarante, ke la milito, kiun li estas faronta, estas sankta enterpreno sankciita de Religio, kaj ke li ricevos rekompencon pro tio en Paradizo. Do li iris, kaj okazis tio, kio okazis. Post kiam ili mortigis 750 virojn, ili prenis virinojn kaj infanojn, preskaů tute senvestigis ilin, surrajdigis ilin sur azenojn, mulojn kaj kamelojn, kaj kondukis ilin tra vicoj da kapoj dehakitaj de la kadavroj de iliaj patroj, fratoj, filoj kaj edzoj al Šľíráz. Alveninte tien, ili estis metitaj en ruinigitan karavanan loăejon ekster la pordego Iṣfahán kaj kontraů Imám-zádih, kaj iliaj kaptintoj ekloăis sub kelkaj arboj apudaj. Ői tie ili restis dum longa tempo subigitaj al multaj insultoj kaj malfacilaŕoj, kaj multaj el ili mortis. Nun vidu la juăon de Dio sur la persekutantojn; őar el tiuj, kiuj őefe respondecis tiujn ői kruelaŕojn, őiu venis al malbona fino kaj mortis troěarăita de afliktego. Mia avo Mihr-'Alí Ňľán baldaů malsaniăis kaj estis muta ăis sia mortotago. Kiam li estis mortanta, tiuj, kiuj staris őirkaů li, vidis de la movado de liaj lipoj, ke li flustras ion. Ili klinis por aůdi liajn lastajn vortojn kaj aůdis lin murmuri mallaůtege "Bábano! Bábano! Bábano!" trifoje. Tiam li mortis. Mia praonklo Mírzá Na'ím malhonoriăis antaů la registaro kaj estis dufoje monpunita – dekmil tumánojn la unuan fojon, dekkvin mil la duan. Sed lia punado ne őesis ői tie, őar li devis suferi diversajn turmentegojn. Liaj manoj estis metitaj en la "il-čľikon" (la turmentego konsistas en tio, ke oni metas lignopecojn inter la fingrojn de la viktimo, kiujn oni premligas per ěnuro. Malvarma akvo estas tiam verěita sur la ěnuron pro kaůzi ăian pluan kuntiriăon) kaj liaj piedoj en la "tang-i-Qájáron" (aů "premegilo Qájár," turmentegilo simila al la "boto" foje uzita en Anglujo, kies enkondukon Persujo ěuldas al la dinastio, kiu nuntempe okupas la tronon); li estis devigita stari nudkape sub la suno kun melaso ěmirita sur lian kapon por altiri la muěojn; kaj, post kiam li suferis tiujn ői kaj aliajn turmentojn ankoraů pli dolorigajn kaj malfierigajn, li estis eksigita kiel malaltigita kaj ruinigita viro." ("Historio de Vojaăanto," Noto H, pp. 191-3.)

[640] 12. Januaro, 1853. p. Kr

[641] 'Abdu'l-Bahá.

[642] Bahíyyih Ňľánum, la Plej Granda Sankta Folio, fratino de 'Abdu'l-Bahá, tiutempe infano sepjara, akompanis la ekzilitojn.

## *Epilogo*

Neniam la sortovicoj de la Kredo proklamita de Báb malaltiĝis pli, ol tiam, kiam Bahá’u’lláh estis ekzilita el sia patrujo al ‘Iráq. La Afero, por kiu Báb mortis, por kiu Bahá’u’lláh laboregadis kaj suferis, ŝajnis esti elmortanta. Ĝia forto ŝajnis esti eluzita, ĝia kontraŭstaro neripareble rompita. Senkuraĝigoj kaj malfeliĉegoj, ĉiu pli dezertiga en sia efiko ol la antaŭa, sekvis unu la alian kun konfuza rapideco, subfosante ĝian vivoforton kaj malpliigante la esperon de ĝiaj plej firmaj subtenantoj. Al hazarda leganto de la paĝoj de la historio de Nabíl, la tuta rakonto eĉ de ĝia komenco ja ŝajnas esti nura historio de malfeliĉaĵoj kaj masubuĉadoj, de malaltiĝoj kaj ĉagrenoj, ĉiu pli severa ol la antaŭa, kulminantaj fine per la ekzilo de Bahá’u’lláh el sia patrolando. Al la skeptika leganto nevola ekkoni la ĉielan potencon, per kio tiu Kredo estis dotita, la tuta koncepto, kiu evoluis en la menso de sia Aŭtoro, ŝajnas esti antaŭkondamnita al malsukceso. La laboro de Báb, tiel glore elpensita, tiel heroe enterprenita, ŝajnus esti finiĝinta per kolasa malfeliĉego. Al tia leganto, la vivo de la malfeliĉa Junulo de Shíráz, juĝate laŭ la kruelaj batoj, kiujn ĝi suferis, ŝajnus esti unu el la plej malfeliĉaj kaj plej senfruktodonaj, kiuj iam alsortiĝis al mortemuloj. Tiu mallonga kaj heroa kariero, kiu, rapida kiel meteoro, ekbrilis trans la firmamenton de Persujo kaj ŝajnis dum tempospaco esti alportinta la sopiratan lumon de eterna saviteco en la mallumon, kiu ĉirkaŭis la landon, estis enigita fine en abismon de mallumo kaj malespero.

Ĉiu paŝo Lia, ĉiu peno Lia nur sukcesis pliigi la malĝojojn kaj ĉagrenojn, kiuj premis Lian animon. Eĉ ĉe la komenco de Lia kariero, la plano, kiun Li elpensis por inaŭguri sian Mision per publika proklamo en la sanktaj urboj Mekko kaj Medino, ne plenumiĝis laŭ Lia espero. La Sharíf de Mekko, al kiu Quddús estis ordonita transdoni Lian Revelacion, montris al li akcepton, kiu malkaŝis per sia glacia indiferenteco la malestiman ignoron, kiun sentis al la Afero de Junulo de Shíráz la reganto de ḥijáz kaj gardisto de ĝia Ka’bih. Lia projekto reveni triumfe de sia pilgrimado |al la urboj Karbilá kaj Najaf, kie Li esperis starigi sian Aferon, eĉ en la koro de tiu fortikaĵo de Shi’ih ortodokseco estis ankaŭ senespere frakasita. La programo, kiun Li elpensis, kies esencaĵojn Li jam komunikis al la elektitaj deknaŭ el siaj disĉiploj, resits plejparte neplenumita. La modereco, kun kiu Li admonis al ili agi, estis forgesita en la unua ekscito de entuziasmo, kiu kaptis la fruajn misiistojn de Lia Kredo, kaj tiu konduto multe respondecis la malsukceson de la esperoj, kiujn Li tiel ameme kaŝis en si. La Mu’tamid, tiu saĝa kaj sagaca reganto, kiu tiel kapable malebligis la danĝeron, kiu minacis tiun altvaloran Vivon, kaj kiu pruvis sian kapablecon fari al Li servojn tiel elstarajn, kiel malmultaj el Liajn pli senpretendaj kunuloj iam povus proponi, estis neatendite forprenita de Li, lasante Lin al la senkompato de la perfidema Gurgín Khán, la plej abomena kaj plej senkonscia el ĉiuj Liaj malamikoj. La sola okazo por renkonto inter Báb kaj Sháh Muḥammad – renkonto, kiun Li mem petis kaj kiun Li plej kore esperis – estis terenfrakasita per la interveno de la timema kaj kaprica ḥájí Mírzá Áqásí, kiu tremis ĉe la penso, ke Lia interrilato kun la suvereno, kiu estis jam tro multe inklinigita amike helpi tiun Aferon, povus sin pruvi fatala al liaj propraj interesoj. La provoj inspiritaj kaj komencitaj de Báb, kiujn faris du el Liaj ĉefaj disĉiploj, Mullá ‘Alíy-i-Basṭámí kaj Shaykh Sa’íd-i-Hindí, enkonduki la Kredon, unu en turkan teritorion kaj la alia en Hindujon, finiĝis per malfeliĉa malsukceso. La unua enterpreno disfalis eĉ ĉe sia komenco pro la kruela martirigo de ĝia antaŭeniganto, dum la laste nomita alportis ŝajne neatentindan rezulton, ĉar ĝia sola frukto estis konverto de certa siyyid, kies diversigita kariero de servado estis neatendite finita en Luristán per la ago de la perfidema Íldirím Mírzá. La kaptiteco, al kiu estis kondamnita Báb mem dum la plej granda parto de la jaroj de sia servado; Lia izoleco en la montaj fortikaĵoj de Ádhirbáyján, for de Lia sekvantaro, kiu estis dolorige elprovita de gajnavida malamiko; super ĉio, la tragedio de Lia propra martiriĝo, tiel ega, tiel terure malaltiga, ŝajnus signi la plejajn profundojn de malhonor, kiun tiel nobla Afero eĉ de sia naskiĝhoro|estis kondamnit suferi. Lia morto, fino de rapida kaj malserena kariero, ŝajnus sigeli per malsukceso taskon, kiun, kiel ajn heroa en la penadoj, kiujn ĝi inspiris, tamen estis neeble plenumi.

Kiom multe Li mem suferis, la angoro, kiun oni devigis al Li elporti, estis nur guto kompare al la afliktegoj, kiuj estis pluvontaj sur la amason de Liaj sindeklarintaj sekvantoj. La pokalo de malĝojo, kiu tuŝis Liajn lipojn, estis eltrinkota de tiuj, kiuj ankoraŭ restis post Li. La katastrofo de Shaykh ṭabarsí, kiu senigis Lin je Liaj plej kapablaj helpantoj, Quddús kaj Mullá ḥusayn, kaj kiu enprofundigis ne malpli, ol tricent kaj dektri el Liaj fidelaj kunuloj, venis kiel la plej kruela frapo, kiu ankoraŭ trafis Lin, kaj ĉirkaŭis per mortkitelo de mallumo la finajn tagojn de Lia rapide forfluanta vivo. La batalo de Nayríz, kune kun ĝiaj teruregoj kaj kruelaĵoj, kiu alportis la perdon de Vaḥíd, la plej klera, la plej influa, kaj la plej kapabla inter la sekvantoj de Báb, estis plia frapo al la rimedoj kaj nombroj de tiuj, kiuj daŭris teni alte la torĉon. La sieĝo de Zanján, kiu sekvis tuj post la malfeliĉego okazinta al la Kredo en Nayríz, kaj kiu estis signita de la buĉadoj, kun kiuj la nomo de tiu provinco ĉiam restos kunigita, ankoraŭ pli malplenigis la vicojn de la subtenantoj de la Kredo, kaj senigis ilin je la certiga forto, per kiu la ĉeesto de ḥujjat inspiris ilin. Lia morto signis, ke jam foriris la lasta eminentulo inter la elstaraj ĉefoj de la Kredo, kiuj, per sia eklezia aŭtoritateco, sia klereco, siaj sentimo kaj forto de karaktero, superstaris la simplan aron de siaj kundisĉiploj. La plej kapablaj sekvantoj de Báb estis falĉitaj en senkompata buĉado, kaj post ĝi restis vasta aro da sklavigitaj virinoj kaj infanoj, kiuj ĝemis sub la jugo de senkompata malamiko. Iliaj ĉefoj, kiuj per siaj sciado kaj ekzemplo nutris kaj subtenis la flamon, kiu ardis en tiuj bravaj koroj, ankaŭ pereis, kaj ilia laboro ŝajnis esti forlasita inter la konfuzo, kiu afliktis persekutatan komunumon.

El ĉiuj, kiuj montris sin kapablaj daŭrigi la laboron, kiun Báb transdonis al siaj sekvantoj, Bahá’u’lláh sola restis.[643] Ĉiuj ceteraj |mortis per la glavo de la malamiko. Mírzá Yaḥyá, la nominala ĉefo de la aro, kiu postvivis Bábon, malglore

[643] Mírzá Abu’l-Fađl citas, en sia “Farálid” (pp. 50-51), la jenan rimarkindan tradicion de Mahometo, kiu estas akceptita kiel aůtentika eldiro de la Profeto, kaj al kiu Siyyid ‘Abdu’l-Vahháb-i-Šľa‘rání aludas en sia verko titolita “Kitábu’l-Yaváqít-i-va’l Javáhir”: “Őiuj ili (la kunuloj de la

rifuĝis inter la montojn de Mázindarán el la danĝeroj de la tumulto, kiu kaptis la ĉefurbon. Alivestita kiel derviŝo, en la mano kashkúl,[644] li forlasis siajn kunulojn kaj forkuris el la sceno de danĝero al la arbaroj de Gílán. Siyyid Ḥusayn, diktaskribisto de Báb, kaj Mírzá Aḥmad, ties kunlaboranto, kiuj estis ambaŭ tre kleraj pri la instruoj kaj esprimoj de la ĵusrevelaciita Bayán kaj, per sia kunesto kun sia Majstro kaj sia kono pri la ordonoj de Lia Kredo, povis klerigi la komprenon kaj firmigi la fundamentojn de la kredo de siaj kunuloj, kuŝis katenigitaj en la Síyáh-Chál de Ṭihrán, tute apartigitaj de la kredantaro, kiu tiel ege bezonis ilian konsilon, ambaŭ kondamnitaj suferi frue kruelan martiriĝon. Eĉ Lia propra patrinflanka onklo, kiu de Ties juneco ĉirkaŭis Lin per tia patra zorgemo, kiun nenia patro estus povinta superi, kiu faris al Li rimarkindajn servojn en la fruaj tagoj de Liaj suferadoj en Shíráz, kaj kiu, se li estus permesita postvivi Lin nur malmultajn jarojn, estus povinta fari netakseblajn servojn al Lia Afero, malfortiĝadis en malliberejo, forlasita kaj sen espero iam daŭrigi la laboron, kiu estis tiel proksima al lia koro. Ṭáhirih, tiu flama emblemo de Lia Afero, kiu, egale per sia nesubigebla kuraĝo, sia ardega karaktero, sia heroa kredo, siaj fajra ardo kaj vasta sciado, ŝajnis dum tempospaco kapabla allogi la tutan virinaron de Persujo al la Afero de sia Amato, mortis, ho ve, eĉ en tiu horo, kiam triumfo ŝajnis esti proksima, viktimo de la kolerego de kalumnia malamiko. La influo| de ŝia laboro, kies progreso estis tiel trofrue haltigita, ŝajnis al tiuj, kiuj apudstaris dum ili mallevis ŝin en la kavon, kiu servis kiel ŝia tombo, esti tute estingita. La ceteraj Literoj de la Vivanto de Báb aŭ pereis per la glavo aŭ estis katenigitaj en malliberejo, aŭ denove vivis humilan vivon en iu malproksima angulo de la regno. La aro de la multampleksaj verkoj de Báb plejparte suferis sorton ne malpli humiligan, ol tiu, kiu okazis al Liaj disĉiploj. Multaj el Liaj abundaj verkoj estis tute forigitaj, aliaj estis disŝiritaj kaj cindrigitaj, kelkaj estis fiŝanĝitaj, multaj estis kaptitaj de la malamiko, kaj la cetero kuŝis kiel amaso da malordigitaj kaj nedeĉifritaj manuskriptoj, necerte kaŝitaj kaj disigitaj inter la postvivantoj de Liaj kunuloj.

La Kredo, kiun Báb proklamis, kaj por kiu Li oferis ĉion, ja atingis sian plejan elfluon. La fajroj ekbruligitaj kontraŭ ĝi preskaŭ forbruligis la strukturon, de kiu ĝia daŭra ekzisto dependis. La flugiloj de morto ŝajnis ŝvebi super ĝi. Ekstermo plena kaj nerebonigebla ŝajnis minaci eĉ ĝian vivon. Inter la ombroj, kiuj rapide kolektiĝis ĉirkaŭ ĝi, la personaĵo de Bahá'u'lláh sola brilis kiel la potenca Liberiganto de Afero, kiu estis rapidanta al sia fino. La signoj de klara vidpovo, de kuraĝo kaj sagaceco, kiujn Li montris pli ol unufoje, de kiam Li leviĝis probatali la Aferon de Báb, ŝajnis kapabligi Lin revivigi la sorton de mortanta Kredo, se Liaj vivo kaj daŭra ekzisto en Persujo estus certigitaj. Sed ĉi tio ne estis okazonta. Katastrofo senekzempla en la tuta historio de tiu Kredo rapidigis persekuton pli furiozan, ol iu, kiu ĝis tiam okazis, kaj tiun ĉi fojon ĝi tiris en sian vorticon la personon de Bahá'u'lláh mem. La malfortaj esperoj, kiujn la restaĵoj de la kredantoj ankoraŭ havis, estis detruitaj inter la konfuzo sekvanta. Ĉar Bahá'u'lláh, ilia sola espero kaj la sola celo de ilia konfidemo, estis tiel debatita de la severeco de tiu ŝtormo, ke nenia reboniĝo ŝajnis estis plu ebla. Post kiam Li estis senigita je ĉiuj siaj posedaĵoj en Núr kaj Ṭihrán, denuncita kiel la ĉefa instiganto de malnobla atenco sur la vivon de sia suvereno,| forlasita de sia parencaro kaj malestimata de siaj antaŭaj amikoj kaj admirantoj, enigita en malluman kaj pestan malliberejon subteran, kaj fine, kun la anoj de sia familio pelita en senesperan ekzilon preter la limojn de sia patrujo, ĉiuj esperoj, kiuj centriĝis ĉirkaŭ Li kiel la ebla Elaĉetanto de afliktita Kredo, ŝajnis momente tute malaperi.

Ne estas mirinde, ke Sháh Náṣiri'd-Dín, antaŭ kies okuloj kaj per kies impulso tiaj batoj estis faritaj, jam fieris pri tio, ke li estas la detruinto de Afero, kontraŭ kiu li tiel firme batalis, kaj kiun li fine laŭ videbla ŝajno povis subpremi. Ne estas mirinde, ke li imagis, dum li sidis pensanta pri la intersekvaj gradoj de ĉi tiu vasta kaj sangelverŝa enterpreno, ke pere de la mandato de ekzilo, kiun liaj manoj subskribis, li sonorigis la mortsonoradon de tiu malaminda herezo, kiu ekigis tian teruron en la koroj de lia popolo. Al Sháh Náṣiri'd-Dín ŝajnis en tiu superega momento, ke la sorĉo de tiu teruro estas rompita, ke la tajdo, kiu inundis lian landon, fine deturniĝas kaj reportas al liaj samlandanoj la pacon, al kiu ili sopiris. Nun, ĉar Báb ne estis plu; nun, ĉar la potencaj kolonoj, kiuj subtenis Lian Aferon, estis dispremitaj; nun, ĉar la amaso de ĝiaj entuziasmuloj tute tra la longeco kaj vasteco de lia regno estis malkuraĝigitaj kaj ellacigitaj; nun, ĉar Bahá'u'lláh mem, la sola restanta espero de senĉefa komunumo, estis pelita en ekzilon kaj memvole rifuĝis en la ĉirkaŭaĵon de la fortikaĵ Shi'ih fanatikeco, la fantomo, kiu trudvizitis lin de kiam li surtroniĝis, malaperis por ĉiam. Neniam plu, li imagis, li aŭdus pri tiu malaminda Afero, kiu, se li kredus siajn plej bonajn konsilantojn, rapide retiras sin en la ombrojn de senpotenco kaj forgeso.[645]

| Eĉ al la sekvantoj de la Kredo, kiuj postvivis la abomenojn, per kiuj oni superŝutis ilian Aferon – eĉ al tiu malgranda karavano, kun eble malmultaj esceptoj, iranta en la mezo de vintro tra la neĝoj de la montoj, kiuj limtuŝis 'Iráqon,[646] la Afero de Báb, oni povas bone imagi, povus momente ŝajni esti malsukcesinta plenumi sian celon. Ŝajnus, ke la fortoj de

Qá'im) estos mortigitaj krom Unu, kiu atingos la ebenaŕon Aűor, la Festensalonego de Dio." Laů Mírzá Abu'l-Fađl, la plena teksto estas ankaů menciita de Šľayňľ Ibnu'l-'Arabí en sia "Futúḥat-i-Makkíyyih."

[644] "Kava ujo en grandeco kaj formo simila al kokuso, őirkaů kies aperturo estas ligitaj du őenoj őe kvar punktoj por servi kiel tenilo. Derviěoj uzas ăin kiel almozkorbon." ("Historio de Vojaăanto," p. 51, noto 3.)

[645] "Ekscelenco, post la plenumo de tiuj energiaj rimedoj flanke de la persa registaro por ekstermi la erarigitan kaj malamindan sekton de la bábanoj, la detalojn de kiuj Via Ekscelenco plene konas (oni aludas al la granda persekuto de la bábanoj en Ṭihrán en la somero de 1852), dank' al Dio, per la atento de la imperiestra menso de Lia Plej potenca Reăa Moěto, kies rango estas kiel tiu de Jamšľíd, la rifuăejo de la Vera Religio – niaj vivoj estu lia ofero! --, iliaj radikoj estis eltiregitaj." (Eltiraŕo el letero skribita de Mírzá Sa'íd Ňľán, eksministro de la eksterlandaj aferoj de Persujo, al la persa ambasadoro en Konstantinoplo; datita la 12an de Ďľu'l-Ḥijjih, 1278 (10. Majo, 1862.) Kopio de la faksimilo kaj traduko de la dokumento troviăas en "Materialo por Studado de la Bábana Religio," de E. G. Browne, p. 283.)

[646] "Ăi estis terura vojaăo en malebena montoplena regiono kaj la vojaăantoj suferegis pro veteraőo." ("La Akordiăo inter Gentoj kaj Religioj," de d-ro T. K. Cheyne, p. 121.)

mallumo, kiuj ĉirkaŭis ĝin ĉiuflanke, fine venkis kaj estingis la lumon, kiun tiu juna Princo de Gloro ekbruligis en sia lando.

Almenaŭ al Sháh Náṣiri'd-Dín, la potenco, kiu ŝajnis dum tempospaco entiri en sian orbiton la tutan militistaron de sia regno, ĉesis esti grava. Malbonŝanca eĉ de sia naskiĝo, ĝi estis fine devigita cedi al la perforto de la batoj, kiujn lia glavo faris. La Kredo suferis disrompon certe bone meritita n. Liberigita el ĝia malbeno, kiu dum multaj noktoj senigis lin je lia dormo, li povus nun kun plena atento komenci la taskon savi sian landon el la dezertigaj efikaĵoj de tiu vasta trompo. De nun lia vera misio, tiel li supozis, estos ebligi al ambaŭ, Eklezio kaj Ŝtato, firmigi siajn fundamentojn kaj plifortigi siajn vicojn kontraŭ entrudado de similaj herezoj, kiuj povus estonte venenigi la vivon de liaj samlandanoj.

Kiel vanaj estis liaj imagoj, kiel vasta lia sintrompo! La Afero, kiun li espereme imagis esti subpremita, ankoraŭ vivis, destinita elveni en la mezo de tiu grandega konvulsio pli forta, pli pura, kaj pli nobla, ol iam. La Afero, kiu al la menso de tiu malsaĝa monarko ŝajnis rapidi al detruo, estis nur travivanta la fajrajn provojn de fazo de transiro, kiu estis portonta ĝin pluan paŝon sur la vojo de ĝia alta destino. Nova| ĉapitro en ĝia historio estis malkaŝata, pli glora ol iu, kiu signis ĝian naskiĝon aŭ leviĝon. La subpremo, pri kiu tiu monarko opiniis, ke ĝi sukcesis sigeli ĝian sorton, estis nur la komenca grado en evoluado destinita ekflori, en la pleneco de tempo, en Revelacion pli potencan, ol iu, kiun Báb mem proklamis. La semo, kiun Lia mano semis, kvankam subigita dum tempospaco al la furiozo de ŝtormo de senekzempla perforto, kaj kvankam poste transplantita al fremda tero, estis daŭre disvolviĝonta kaj kreskonta ĝustatempe en Arbon, kiu estis destinita etendi sian ŝirmon super ĉiujn parencarojn kaj popolojn de la tero. Kvankam la disĉiploj de Báb estu turmentegitaj kaj mortigitaj, kaj Liaj kunuloj malaltigitaj kaj subpremitaj; kvankam Liaj sekvantoj malmultiĝu nombre; kvankam la voĉo de la Kredo mem estu silentigita de la brako de perforto; kvankam malespero kaptu ĝian sorton; kvankam ĝiaj plej kapablaj defendantoj apostatiĝu de sia kredo, tamen la promeson enfiksitan en la ŝelo de Lia vorto nenia mano sukcesus perforti kaj nenia povo kontraŭstari ĝiajn ĝermadon kaj kreskadon.

Ja, la unuaj lumetadoj de la nova Revelacio, kies Proklamanto Báb deklaris sin esti, kaj al kies alproksimiĝo kaj certeco Li tiel ofte aludis,[647] povis jam esti distingita meze de la mallumo, kiu ĉirkaŭis Bahá'u'lláhon en la Síyáh-Chál de ṭihrán[648]. La forto elkreskinta el| la gravega Revelacio proklamita de Báb, kiu estis poste malkaŝonta sin en sia tuta gloro kaj ĉirkaŭi la globon, estis jam pulsbatanta en la vejnoj de Bahá'u'lláh, dum Li kuŝis en sia karcero elmetita al la glavo de sia ekzekutisto. La silenta voĉo, kiu, en la horo de amara angoro, anoncis al la Malliberulon la Revelacion, de kiu Li estis elektita esti la Peranto, certe no povis atingi la orelojn de la monarko, kiu estis jam pretiganta solenigon de la estingo de la Kredo, pro kiu lia Kaptito probatalis. Tiu malliberigo, pri kiu ĝia ordoninto opiniis, ke ĝi brulstampis per malgloro la puran nomon de Bahá'u'lláh, kaj kiun li konsideris kiel preludon al ankoraŭ pli humiliga ekzilo al 'Iráq, estis ja la efektiva scenejo, kies Aŭtoro estis estonta Bahá'u'lláh, Afero, kiu vidis la unuajn moviĝojn de tiu Afero, kiu devis unue esti konigita en la urbo Baghdád kaj poste proklamata el la mallibereja urbo Aĥor, al la Sháh, ne malpli, ol al la aliaj regantoj kaj reĝoj de la mondo.

Sháh Náṣiri'd-Dín malmulte imagis, ke eĉ per tio, ke li proklamis la kondamnon ekzilan kontraŭ Bahá'u'lláh, li estas helpanta malkaŝi la nesubpremeblan Celon de Dio, kaj ke li mem estas nur ilo en la plenumo de tiu Plano. Malmulte li imagis, ke, dum lia regado estis finiĝanta, ĝi vidus revivigon eĉ de tiuj fortoj, kiujn li strebis tiel ageme ekstermi – revivigo, kiu malkaŝus tian vivoforton, kiun li, en la horo de pleja malespero, neniam opiniis tiun Kredon posedi. Ne nur inter la limoj de sia propra regno, [649] ne nur ĉie en la apudaj teritorioj 'Iráq kaj Rusujo, sed|| ĝis Hindujo en la

---

[647] "Sed tiel rimarkinda kiel estis lia sentimo je pretendado de Dia aŭtoritateco, estis lia sindeteno, laŭ kiu li insistis, ke lia aŭtoritateco ne estas fina. Li sentis sin kompetenta kaj komisiita malkaĕi multe, sed kun egala certeco li sentis, ke estas senlima pliaŕo ankoraŭ revelaciota. En ői tio estis lia grandeco. Kaj en ői tio estis lia plej granda ofero. Per tio li riskis la malpliiăon de sia persona eminenteco. Sed li certigis la daŭron de sia misio.... Li certigis, ke la afero, kiun li komencis, kresku kaj plivastiău. Li mem estis nur 'litero el tiu plej granda libro, rosguto el tiu senlima oceano.'... Ői tio estis la humileco de vera envidpovo. Kaj ăi efikis. Lia afero kreskis kaj plivastiăis, kaj ăi havas ankoraŭ grandan estontecon antaŭ si." ("La Eklumeto," de Sir Francis Younghusband, pp. 210-211.)

[648] "Dum la tagoj, kiam mi estis malliberigita en la Lando ṭá (ṭihrán), kvankam la pika ĕarăo de katenoj kaj la naŭza atmosfero de la malliberejo permesis al mi malmultan dormon, tamen okaze, en miaj momentoj de dormeto, mi sentis kvazaŭ io superverĕas mian bruston, eő kiel potenca torento, kiu, malsuprenfluanta de la pinto de alta monto, superĕutas la teron. Őiuj miaj membroj ĕajnis esti flamigitaj. En tiaj momentoj mia lango recitis tion, kion homaj oreloj ne povis aŭdi." ("Epistolo al Filo de Lupo," p. 17.)

[649] Gobineau, skribante őirkaŭ la jaro 1865, atestas jene: "La ăenerala opinio estas, ke la bábanoj estas disvastigitaj en őiuj klasoj de Persujo, kun escepto de la nuṣayranoj kaj la kristanoj; sed estas precipe la kleraj klasoj, homoj praktikantaj la sciencojn de la lando, kiuj estas tre suspektindaj. Oni opinias, kaj prave, ke multaj mulláoj, kaj inter ili sufiőe multaj mujtahidoj, altrangaj juăistoj, homoj, kiuj okupas en la kortego gravajn oficojn kaj kiuj estas proksimaj al la reăo, estas bábanoj. Laŭ kalkulo ŕusfarita, estus en ṭihrán kvinmil tiaj religianoj el aro de okdek mil personoj proksimume. Sed la argumentoj, kiuj subtenas tiun kalkulon, ne ĕajnas esti tre firmaj, kaj mi inkliniăas al la opinio, ke se iam la bábanoj malsuperiăus en Persujo, ilia nombro en la őefubro troviăus multe pli granda. Őar samtempe oni devos aldoni al la nombro de la fervoruloj, kiomaj ili estas nun, la kunsenton de granda parto de homoj, kiuj inkliniăas al la doktrinoj nun kondamnataj, kaj al kiuj la triumfo donus kuraăon deklari sian opinion." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," p. 251.) "Duona jarcento ankoraŭ ne pasis de kiam Mírzá 'Alí-Muḥammad, la juna Profeto de Ŝľíráz, unue komencis prediki la religion, kiu nun kalkulas siajn martirojn po centoj kaj siajn aliăintojn po centmiloj; kiu ĕajnis foje minaci la superecon egale de la dinastio Qájár kaj de la mahometana kredo en Persujo, kaj ankoraŭ ne neeble pruviăos esti grava faktoro en la historio de okcidenta Azio." (Enkonduko de E. G. Browne el la "Táríňľ-i-Jadíd," p. 7.) "Bábismo," skribas profesoro James Darmesteter, "kiu dum malpli ol kvin jaroj dissemiăis de unu limo de Persujo ăis la alia, kiu en 1852 estis trempita en la sango de ăiaj martiroj, silente progresas kaj plimultiăas. Se Persujo estas iel ajn reformota, okazo per ői tiu nova kredo." (Eltiraŕo el "Persujo: Historio kaj Literatura Skizo," tradukita de G. K. Narimán.) "Se Bábismo daŭros kreski je sia nuna rapideco de progreso, povus supozeble veni tempo, kiam ăi elpelos Mahometanismon el la kampo de Persujo. Mi opinias, ke verĕajne ăi ne farus tion, se ăi aperus sur la teron sub la standardo de malamika kredo. Sed pro tio, ke ăiaj rekrutoj estas allogitaj el la plej bonaj soldatoj de la garnizono, kiun ăi atakas, estas pli kredeble, ke ăi fine venkos. Al tiuj, kiuj scias ion pri la persa karaktero, tiel eksterordinare impresiăema je religiaj influoj, kiel ăi estas, estos memevidente, kiom da klasoj en tiu lando la nova kredo sukcese allogas. La ṣufíoj, aŭ mistikuloj, jam de longe asertis, ke devos őiam esti Pír, aŭ profeto, videbla korpe, kaj ili fariăas tre facile enigitaj en la bábanan gregejon. Eő la ortodoksa mahometano, kies mensa okulo őiam turnis sin en avida atendo al la malaperinta Imám, estas tuĕebla de la konvinka rezonado, per kiu oni strebas pruvi, ke aŭ Báb aŭ Bahá'u'lláh estas la Mihdí, laŭ őiuj antaŭdiroj de la Korano kaj la tradicioj. La pura kaj suferplena vivo de Báb, lia malhonora morto, la heroeco kaj martiriăoj de liaj sekvantoj, allogos

oriento[650], ĝis Egiptujo kaj Eŭropa Turkujo en la ok|cidento, tia reintensiĝo de la Kredo, kian li neniam atendis, vekis lin el la sonĝoj, al kiuj li tiel espereme sindediĉis. La Afero de Báb ŝajnis kvazaŭ ĝi el morto reviviĝis. Ĝi aperis en formo senlime pli timiga, ol iu, en kiu ĝi aperis antaŭe. Malgraŭ liaj kalkuloj, la nova antaŭenpuŝo, kiun la personeco de Bahá'u'llá, kaj super ĉio la enestanta forto de la Revelacio, kiun Li personigis, donis al la Afero de Báb, estis tia, kian Sháh Náṣiri'd-Dín neniam imagis. La rapideco, per kiu dormanta Kredo estis revivigita kaj firmigita en lia propra teritorio; ĝia disvastiĝo al Ŝtatoj preter ĝiaj limoj; la miregindaj pretendoj de Bahá'u'lláh preskaŭ meze de la fortikaĵo, kie Li elektis loĝadi; la publika deklaro de tiu pretendo en Eŭropa Turkujo, kaj ĝia proklamo en elvokaj Epistoloj al la regantoj de la tero, unu el kiuj la Sháh mem estis destinita ricevi; la entuziasmo, kiun tiu anonco elvokis en la koroj de sennombraj sekvantoj; la translokigo de la centro de Lia Afero al la Sankta Lando; la laŭgrada malseverigo de Lia mallibereco, kiu signis la finajn tagojn de Lia vivo; la forigo de la malpermeso devigita de la sulṭáno de Turkujo kontraŭ Lia interrilato kun vizitantoj kaj pilgrimantoj, kiuj amasiĝis el diversaj partoj de la Oriento al Lia malliberejo; la vekiĝo de la spirito de esploro itner la pensuloj de la Okcidento; la tuta disrompo de la fortoj, kiuj provis efektivigi skismon en la rangoj de Liaj sekvantoj, kaj la sorto, kiu okazis al ĝia ĉefa instiginto; super ĉio, la altegeco de tiuj instruoj, kiuj plenigis Liajn publikigitajn verkojn, kaj kiuj estis legataj, dissemataj kaj instruataj de ĉiam-kreskanta nombro de aliĝintoj en Rusa Turkestano, en 'Iráq, en Hindujo, en Sirio, kaj tiel malproksime kiel Eŭropa Turkujo – ĉi tiuj estis inter la ĉefaj faktoroj, kiuj konvike malkaŝis al la Sháh la nevenkeblan karak|teron de Kredo, kiun li opiniis sin esti bridinta kaj detruinta. Kiom ajn li provu kaŝi siajn sentojn, la senutileco de liaj penoj estis ja evidenta. La Afero de Báb, kies naskiĝon kaj afliktadojn li mem vidis, kaj kies triumfa progreso li estis nun vidanta, leviĝis kvazaŭ fenikse el siaj cindroj kaj antaŭeniris sur la vojo kondukanta al neimageblaj heroaĵoj.[651]||

---

multajn aliajn, kiuj povas trovi nenian similan fenomenon en la nuntempa historio de Islámo." ("Persujo kaj la Persa Problemo," de Lord Curzon, vo. 1, P. 503.) En la sama ĉapitro, la aŭtoro, komentante pri la estonto de kristana misiista enterpreno en Persujo, skribas jene: "Persujon oni eĉ priskribis kiel la plej esperplenan inter la kampoj de misiista laboro en la Oriento. Kvankam mi konscias pri la valora laboro, kiu estis kaj estas farata de la reprezentantoj de anglaj, francaj kaj amerikaj misiaj societoj en tiu lando, per disvastigo de edukado, per publika bonfarado, per senkosta donaco de medicina helpo, per forto de ekzemplo, kaj kvankam mi neniel sugestas, ke ĉi tiuj piaj laboradoj estu malrapidigitaj, tamen mi ne povas, laŭ tia scio, kian mi posedas, partopreni tiel optimisman antaŭdiron pri la estonteco." (P. 504.) "... Tamen, en Persujo, la eble pleja el tiuj malhelpoj, kiuj kontraŭstaras la kristanajn komunumojn, devenas de iliaj propraj sektaj malsimilecoj, kaj la mahometanoj tute rajtas moki tiujn, kiuj invitas ilin eniri la gregon, kies diversaj anoj amas unu la alian tiel amare. Protestantoj brue disputas kun katolikoj, presbiterianoj kun episkopianoj, la protestantaj nestorianoj rigardas ne tre amike la nestorianojn originalajn, kaj ĉi tiuj siavice ne plej harmonie amikiĝas kun la ĥaldeanoj, aŭ katolikaj nestorianoj. La armenoj flankenrigardas la unuiĝintajn (aŭ katolikajn) armenojn, kaj ambaŭ unuiĝas malhelpi la laboron de la protestantaj misiejoj. Fine, oni povus kutime kalkuli la malamikecon de la judoj. En la diversaj landoj de la Oriento, en kiuj mi vojaĝis, de Sirio ĝis Japanujo, frapis min la stranga kaj, laŭ mia opinio, malĝojiga fenomeno de misiistaj aroj farantaj la plej noblan el la militadoj sub la standardo de la Princo de Paco per fratmurdaj armiloj en la manoj." (P. 507-8.) "... Se do la kriterio de misiista agado en Persujo estu la nombro de konvertitoj, kiujn ĝi faris el Islámo, mi ne hezitas diri, ke la grandega elspezo de mono, de honesta peno, kaj de oferema laborado, per kiuj oni superŝutis tiun landon, ricevis tute nesufiĉan profiton. Junaj mahometanoj estis okaze baptitaj de kristanaj misiistoj. Sed ĉi tio ne estu tro rapide konfuzita kun konvertiĝo, ĉar la plimulto el la novevenintoj reiras en la kredon de siaj prapatroj; kaj mi dubas, ĉu de la tago, kiam Henriko Martyn venis en Ŝíírázon, ĝis la nuna momento, ses persaj mahometanoj sincere akceptis la kristanan kredon. Mi ofte serĉis sed neniam vidis konvertitan mahometanon (mi ne enkalkulas, kompreneble, tiujn forlasitojn aŭ orfojn de mahometanaj gepatroj, kiuj estas edukitaj de infaneco en kristanaj lernejoj). Nek suprizas min eĉ la plej plena elmontro de malsukceso. Demetante la dogmajn supozojn de kristaneco (ekz. la doktrino pri la Triunuo kaj la Dieco de Kristo), kiuj tiel multe malplaĉegas al la mahometana koncepto pri la unueco de Dio, ni ne povas rigardi kun multa miro la malinklinon de mahometano forlasi sian kredon, kiam ni memoras, ke la puno por tia ago estas morto. La ŝancoj pro konvertiĝo estas ja malmultaj tiel longe, kiel la korpo, kiel ankaŭ la animo de la konvertito, estas ĵetita en la pesilon. Sed personaj antaŭtimoj, kvankam grava faktoro, tamen ne estas la decida faktoro en la situacio. Estas kontraŭ la neskuebla murego de Islámo, kiel sistemo, kiu ĉirkaŭas ĉiun kampon, kaj devon, kaj agon en ies vivo, ke la ondoj de misiista peno batas kaj frapas vane. Mirinde alĝustigita egale al la klimato, karaktero kaj okupadoj de tiuj landoj, kiun ĝi tiel malmolege premtenas, Islámo tenas sian sindediĉinton en plena sklaveco de la lulilo ĝis la tombo. Al li ĝi ne estas nur religio, ĝi estas registaro, filozofio kaj scienco ankaŭ. La mahometana koncepto ne estas tiel mujlte tio de ŝtata eklezio, kiel, se oni permesus la esprimon, eklezia ŝtato. La traboj, per kiuj la socio mem estas ĉirkaŭita, ne estas el civila, sed el eklezia fabrikaĵo; kaj, envolvita en ĉi tiu grandioza tamen paraliza kredo, la mahometano vivas en kontenta sindediĉo de ĉiu volpovo, konsideras, ke estas sia plej alta devo adori Dion kaj devigi, aŭ, se tio estas neeble, malami tiujn, kiuj ne adoras Lin spirite, kaj tiam li mortas en plej certa espero pri Paradizo. Tiel longe, kiel ĉi tiu ĉiodeviga, ĉioenhava kredo de vivo ĉirkaŭas Orientan popolon, decidante ĉiun devon kaj reguligante ĉiun agon de ekzisto, kaj fine disdonas certan savitecon, misiista trezoro kaj misiista sindediĉo estos plejparte elspezataj vane. Agema propagando ja estas, laŭ mia opinio, la plej malbona sistemo, kiun kristana misiejo en bigota mahometana lando povas konduki, ja eĉ tiu toleremo, per kiu mi kreditigas la persan registaron, ekzistas grandmezure pro la prudenta sindeteno de la kristanaj misiistoj de malkaŝa prozelitismo." (Pp. 508-9.)

[650] Gobineau, skribante ĉirkaŭ 1865, faras la jenan ateston: "Tiamaniere Bábismo grave influis la komprenpovon de la persa nacio, kaj, disvastiĝinte trans la teritoriajn limojn, ĝi plenigis la paŝaĉ-provincon de Baĥdád kaj eniĝis en Hindujon. Oni devas rimarki kiel unu el ĝiaj plej eksterordinaraj ecoj, ke, dum la vivo de Báb, multaj doktoroj de la nova religio, multaj el Liaj sektanoj plej fervoraj kaj plej sindonaj, neniam konis persone sian Profeton, kaj ŝajne ne konsideris tre grave ricevi Liajn instrukciojn el Lia propra buŝo. Tamen, ili montris al Li plene kaj tute senkondiĉe la egajn honorojn kaj respektegon, kiujn laŭ ilia vidpunkto Li certe rajtis." ("Religio kaj Filozofioj en Meza Azio," de la Comte de Gobineau, p. 225.)

[651] "Ĝi disvastiĝas rapide, kaj jen kiamaniere matematike fariĝis religia movado tute siaspeca, kiu nuntempe absorbege okupas mezan Azion, tio estas Persujo, kelkaj partoj de Hindujo kaj parto de Azia Turkujo en la ĉirkaŭaĵo de Baĥdád, movado rimarkinda kaj inda je esplorado el ĉiu vidpunkto. Ĝi ebligas rigardi tiajn plivastiĝojn de agadoj, tiajn evidentiĝojn kaj katastrofojn, kiajn oni ne kutimas imagi krom en la plej antikvaj tempoj, kiam fariĝis grandaj religioj.... Mi mem konfesas, ke, se mi vidus en Eŭropo sekton analogian al Bábismo prezenti sin kun tiuj samaj superecoj, blinda kredo, ega entuziasmo, elprovitaj kuraĝo kaj sindono, respekto flanke de la indiferentuloj, profunda teruro flanke de la kontraŭuloj, kaj plie, kiel mi jam diris, varbemo, kiu ne haltas, kaj kies sukcesoj estas senĉesaj en ĉiuj klasoj de socio; mi diras, se mi vidus tion ĉion ekzisti en Eŭropo, mi ne hezitus antaŭdiri, ke, post difinita tempo, la potenco kaj la sceptro necese apartenus al la posedantoj de tiuj grandaj superecoj." ("Religioj kaj Filozofioj en Meza Azio," de la Comte de Gobineau, pp. 116, 293-4.) "Nu ŝajnas al mi, ke la historio de la bábana movado devus esti interesa diversmaniere al aliaj krom tiuj, kiuj rekte okupas sin je la studado de la persa lingvo. Al la studanto de religia pensado ĝi proponas ne malmulte por pripenso; ĉar ĉi tie li povus pripensadi pri tiaj personaĵoj, kiaj post tempospaco fariĝis herooj kaj duondioj, ankoraŭ ne ŝanĝitaj pere de mito kaj fablo; li povus esplori sub la lumo de amasiĝa kaj sendependa atestado unu el tiuj strangaj eksplodoj de entuziasmo, kredo, fervora sindono, kaj nesubigebla heroeco – aŭ fanatikeco, se oni preferas – kiujn ni kutimas rilatigi al la pli frua historio de la homaro; li povus vidi, per unu vorto, naskiĝon de kredo, kiu ne neeble gajnos lokon inter la grandaj religioj de la mondo. La etnologon ankaŭ ĝi povus enpensigi rilate al la karaktero de popolo, kiu, kvankam malhonorsignita oftege kiel memprofitema, gajnavida, avara, egoista, malnobla, kaj malkuraĝan, tamen kapabla elmontri sub influo de potenca religia impulso tian gradon de sindono, malprofitemo, malavaro, malegoisteco, nobleco, kaj kuraĝo, kian oni povus trovi en historio sed apenaŭ superi. Al la politikisto ankaŭ la afero ne estas negrava; ĉar kiaj ŝanĝoj ne povus esti efektivigitaj en lando nun konsiderata preskaŭ kiel nulo inter la nacioj age de religio kapabla elvoki tiel potencan spiriton? Tiuj, kiuj scias, kion Mahometo faris el la araboj, konsideru bone, kion Báb ankoraŭ eble faros el la persoj. (Enkonduko al "Historio de Vojaĝanto," de E. G. Browne, pp. 8-9.) "Do ĉi tie en Bahjí mi estis akceptita kiel gasto meze de ĉio, kion Bábismo konsideras plej nobla kaj plej sankta; kaj ĉi tie mi pasigis kvin plej memorindajn tagojn, dum kiuj mi ĝuis senkomparajn kaj neesperitajn okazojn interrilati kun tiuj, kiuj estas eĉ la fontoj de tiu

